

# LA NOBLA KORANO

Serio „Oriento-Okcidento" n-ro 10
sub aŭspicioj de Universala Esperanto-Asocio
en konsultaj rilatoj kun UNESCO



Kopenhago 1970

## ENKONDUKO

### Pri la Serio Oriento-Okcidento

En la kadro de la konsultaj rilatoj kun U.N.E.S.C.O. establitaj en 1954, Universala Esperanto-Asocio iniciatis ankaŭ la Serion Oriento-Okcidento. La celo estas duobla: unuflanke, kontribui al la t.n. Granda Projekto pri la Reciproka Aprezado de la Orientaj kaj Okcidentaj Kulturaj Valoroj; aliflanke riĉigi la literaturon en la Internacia Lingvo per pliaj mondsignifaj verkoj.

La publikigo de La Nobla Korano en la araba originalo kun paralela Esperanta traduko, kiel la deka, jubilea, volumo de la Serio, estas per si mem unuaranga kultura evento. Krome, ĝi malfermas la pordon por grandskala penetrado de la Internacia Lingvo en la vastan mondon de la arabe parolantaj landoj. Koran gratulon al la brila tradukanto kaj sinceran dankon al la klarvida eldonisto.

Detaloj pri la Granda Projekto, ĝia evoluo kaj la partopreno de U.E.A. aperis en la Enkondukoj al antaŭaj volumoj. Ĉi tie necesas nur aldoni, ke en la ĵus publikigita libro Pritakso de la Granda Projekto pri Reciproka Aprezado de la Orientaj kaj Okcidentaj Kulturaj Valoroj (Appraisal of the Major Project on Mutual Appreciation of Eastern and Western Cultural Values 1957-1966, Unesco, Paris, 1968) la laboro de U.E.A. estas objektive prezentita (ekzemple sur pp. 76,78) kun eksplicita rekono, ke "majstroverkoj de Orientaj kaj Okcidentaj literaturoj" jam estas publikigitaj en Esperanto en la Serio Oriento-Okcidento. Al ili aldoniĝas nun nova juvelo. Pluaj sekvos.

Prof. D-ro Ivo Lapenna
*prezidanto de U.E.A.*

*Noto de la Eldonejo*

*La ĉi suban antaŭparolon al la Esperanta traduko de la Nobla Korano, farita de d-ro Italo Chiussi, verkis Lia Moŝto Sir Muhammad Zafrulla Khan, en la islama mondo vaste konata kaj aŭtoritata aŭtoro de multaj religiaj verkoj pri la Islamo kaj fama ekzegezisto. Sir Zafrulla Khan estas nuntempe juĝisto ĉe la Internacia Juĝejo en Hago, kies Vic-Prezidanto li ankaŭ estis siatempe; antaŭ kelkaj jaroj li prezidis la kunsidon de la Unuiĝintaj Nacioj kiel gvidanto de la Pakistana Delegitaro kaj li ankaŭ estis longan tempon la Ministro por eksteraj aferoj de sia lando.*

## ANTAŬPAROLO



Kara leganto

*Assalamo alaikum va rahmatullahe*
(kun vi estu la paco kaj la graco de Allah)

Mi rigardas kiel grandan honoron, ke mi estis petita de d-ro Italo Chiussi verki mallongan enkondukon por lia Esperanta traduko de la Nobla Korano.

Estas karakteriza aspekto de la Islamo, ke eĉ la nomo mem proklamas la esencon de tiu kredo: ”Islamo” signifas ”submetiĝo” kaj ”paco”. Tiel ĝi substrekas la submetiĝon al la volo de Dio, kiel ilon por atingi la pacon, en ĉi tiu kaj en la venonta vivo.

La nomo nu estis donita de Dio mem al tiu kredo, ĝi estas Lia elekto: ”Hodiaŭ Mi perfektigis por vi vian religion, kaj Mi plenumis Mian gracon por vi, kaj Mi elektis por vi la Islamon kiel religion” (5:4)*. Religio, antaŭ Allah, signifas tutan submetiĝon al Li. Tiu, kiu serĉas alian kredon, ol la submetiĝon al Li, kiel religion, sciu, ke ĝi neniam estos akceptita de Allah (3:86). Tiusence ĉiuj, kiuj tute submetiĝas al Allah, estas islamanoj (2:113). Kiam la Sinjoro postulis de Abraham: ”Submetiĝu al Mi”, Abraham respondis: ”Mi submetiĝis al la Sinjoro de l' Universo”. Tial Abraham estis piega Islamano. Tiel estis ĉiuj Profetoj kaj tiuj, kiuj kredis al ili, kiel ekzemple la disĉiploj de Jesuo.

Simile la atesto de la Islamo: ”Ne ekzistas alia Dio ol Allah” (2:164; 59:23-24) klarigas la sencon de ĉiu fido: strebi por plaĉi al Li, por plenumi Lian volon, por atingi la proksimecon al Li, por akiri Lian amon (13:23; 92:21-22; 56:12; 3:32), por esti en ĉiuj aferoj kaj en ĉiu senco manifestaĵo de Liaj atributoj; tio

* Unua numero: ĉapitro; dua: verso. La citaĵoj estas ĉiuj el la ”Nobla Korano”.

devas esti la daŭra celo kaj objekto de tiu, kiu vere kredas, ke Allah estas la Unu-nura Adorinda. En ĉiuj aferoj, grandaj aŭ malgrandaj, tia homo havas nur unu deziron, lia plej profunda amo kaj sindono estas al Allah.

"Korano" signifas "legata, recitata, proklamata". Ankaŭ ĉi tiu nomo estas donita de Allah. Ekzemple: "Vere Ni faris ĝin Skribo ofte legata, en lingvo araba, por ke vi komprenu" (43:4) aŭ aliloke: "Vere Ni sendis ĝin – la Koranon arablingvan – por ke vi komprenu" (12:3). La nomo mem "Korano" estas tial granda profetaĵo kaj pruvo de la fakto, ke la aŭtoro de la Libro estas Dio. La nomo esprimas ke la Libro estos ĉiam pli vaste legata, recitata, proklamata, en ĉiuj tempoj kaj en ĉiam pli vastaj regionoj. Tio ne estus ebla pere de nura homa strebado, por tio oni bezonas Dian helpon.

La Korano estas registraĵo de la parola revelacio konsentita per la Dia graco al la Profeto de la Islamo (la paco estu super li), dum preskaŭ dudek du jaroj, en la komenco de la sepa jarcento de la Kristana erao (610-632). Ĝi estis legata, recitata, proklamata en la originalo, t.e. en la vortoj mem de la revelacio, fare de amaso da homoj, kiuj estas multoblo de tiuj, kiuj iam kapablis atingi la originalon de ĉiu ajn alia Skribo en la lingvo, en kiu ĝi estis formulita.

La profetaĵo estis ne nur entenata en la Die elektita nomo de la Libro, ĝi ankaŭ estis klaresprimita dum la unuaj jaroj de la misio de la Sankta Profeto (la paco estu super li) en Mekko, kiam, laŭ la opinio de liaj malamikoj, ekzistis tre malgranda ŝanco, ke la Libro postvivu en Mekko, kaj tute certe ankoraŭ pli malgranda, ke ĝi povu esti disvastigata ekster tiu urbo. La revelacio anoncis: "Kaj Ni vere donis al vi la ofte redirotajn sep versojn – la ĉapitron unuan, Al-Fâteha, la malfermantan – kaj la eminentan Koranon" (15:88). Ke la malfermanta ĉapitro estos ofte redirata, signifis la esencan kvaliton kaj karakteron de la Korano, kies Dia antaŭparolo kaj resumo ĝi estas. Kiam tiu revelacio estis farita al la Sankta Profeto (la paco estu super li), la Islamanoj estis malgranda komunumo kaj al ili ne estis permesate de la Kurajŝ kunveni publike por la Dia kulto. Hodiaŭ la ĉapitro Al-Fâteha estas recitata dum la ĉiutagaj kvin ritaj preĝoj fare de la kredantoj en la tuta mondo proksimume miliardon da fojoj laŭ prudenta takso.

Ĉi tiu ne estas tamen la plej taŭga okazo por detale komentarii ĝian amplekson kaj ĝiajn inspirigajn kvalitojn kaj karakterojn. Alia revelacio de la sama epoko anoncis: "Vere, Ni sendis la Admonon kaj Ni certe estos gardanto super ĝi" (15:10).

La konservado de la Admono enhavis plurajn aspektojn. Rigardante ilin tre rapide, ni devas memori, ke la Korano estis revelaciita, peco post peco, dum pli ol dudek du jaroj, dum kiuj plej ofte la Profeto (la paco estu super li) kaj la Islamanoj tre malofte ĝuis pacon kaj trankvilecon kaj tre malofte estis sen iu ajn zorgo aŭ aflikto. En Mekko ne ekzistis instruiteco, kaj ĝi ankaŭ poste ne estis tre vasta, kvankam ĉiam kreskanta, en Medino. La Profeto mem kapablis nek legi nek skribi (29:49). Papero kaj aliaj iloj por konservi raporton, kiuj estas kutimaj nuntempe, kaj kiujn ni rigardas kiel memkompreneblajn, praktike ne ekzistis aŭ ne estis haveblaj en Centra Arabujo antaŭ dekkvar jarcentoj.

La plej grava kaj certe centra aspekto de la konservado de la Admono estis la konservado de la teksto mem de la revelacio, nedifektebla kaj kompleta. La metodo estis, ke – kiam unu verso aŭ grupo da versoj estis revelaciitaj – la Profeto (la paco estu super li) venigis unu aŭ la alian, el inter malgranda grupo de kleraj Islamanoj, kiujn li elektis kiel skribistojn, kaj sciigis al li la tekston de la ricevita

revelacio; ĉi tiu tiam klopodis trovi ilojn por skribi ĝin, kiel eble plej bone li kapablis. La Profeto ankaŭ sciigis tiam la lokon de la verso aŭ de la versoj rilate al la cetera teksto de la Korano. La revelacio tiam estis proklamita kaj ĉiam kreskanta nombro da kredantoj lernis ĝin parkere. Poste ĝi estis intermetita en la recitadon de la Korano laŭ la sekvo asignita. Revelaciitaj partoj de la Korano tre ofte estis recitataj kaj deklamataj dum la ritaj preĝoj kaj en ĉiu alia taŭga okazo. La Profeto (la paco estu super li) mem tre ĝuis aŭskulti parkere recitatajn porciojn de la Korano.

Per la disvastigado de la Islamo, la nombro de tiuj, kiuj lernis parkere la tutan tekston de la Korano pligrandiĝis tre rapide kaj tiu praktiko decide firmiĝis.

Kiam la iloj por multobligi la skribitan tekston fariĝis haveblaj, oni fervore uzis kaj utiligis ilin, sed la ebleco, ĉiam pli kutima, havigi al si la manuskripton kaj-pli malfrue-presitajn ekzemplerojn, ne forigis la neceson konservi la tekston en al homa memoro. Tute kontraŭe: ĝi plifaciligis lerni parkere la skribitan tekston. Lerni parkere estas esprimo de dankemo kaj respektego al la Sinjoro pro Lia abunda graco kaj kompato, ĉar Li havigis al la homaro la grandegajn trezorojn de lumo kaj gvidado, kiujn enhavas la Korano. Tiel preciza kaj sekve tiel akurata kaj senmanka estas la memorado, ke la korekteco de presita teksto devas esti certigata de du personoj, kiuj konservas la Koranon sekure en sia memoro, prefere ol inverse. Tiuj, kiuj plenumis la laboron necesan por lerni parkere la tutan tekston, estas ĉiam viglaj kaj atentaj por konservi ĝian memoriĝon kompleta kaj nedifektita. Ankoraŭ pli granda nombro da personoj posedas en sia memoro porciojn de la teksto.

Tiaj estis la iloj por konservi sendifekta la tekston de la Admono. La kaŭzo por la sukceso de tiu strebado, ordonita de Dio, malgraŭ la sennombraj okazaĵoj, kiuj instigis al aliaj rezultoj dum la jarcentoj, ne estis tamen iu speciala virto de la iloj adoptitaj, sed tute simple la graco kaj la kompato de Allah, kiu havigis al la homaro tiujn ilojn kaj faris ilin efikaj.

La rezulto estas, ke la plej kritikaj kaj akurataj esploradoj faritaj de la okcidentaj orientalistoj certigis, ke la Korano estas, rilate al ĉiu vorto, kiun ĝi enhavas, precize tiel, kiel Mahometo (la paco estu super li) transdonis ĝin al la mondo kiel revelacion donitan al li. Tio certe estas la plenumiĝo de unu el la aspektoj de la Dia promeso ke la Admono estos tute gardata. Alia, same fundamenta aspekto estas, ke la lingvo, en kiu la Admono estis formulita, ĉiam devos plue esti vivanta kaj neniam fariĝos estingita kaj forgesita esprimilo, ĉar aliokaze la signifo kaj la spirito de la Admono estus en danĝero. La klasika Araba lingvo tute kontentigas tiun postulon: ĝi estas hodiaŭ parolata, skribata kaj komprenata en multe pli vastaj regionoj ol antaŭ dekkvar jarcentoj kaj ĝi amasigis riĉan kaj abundan kaj multaspektan kulturan heredaĵon. Ankaŭ tio ne povus rezulti nur el homa strebado, ĝi estas la plenumiĝo de la Dia promeso.

La homa vivo kaj la homa societo estas dinamikaj. Novaj problemoj kaj novaj metodoj, pli vastaj konceptoj kaj novaj filozofiaj ideoj daŭre estiĝas. La Korano asertas, ke la gvidado, kiun ĝi enhavas, estas adekvata por ĉiuj tempoj kaj por ĉiuj cirkonstancoj. Tiusence la unika karaktero de la Korano, ke ĝi estas en sia tuta teksto parola revelacio kaj tiel laŭlitere la vorto de Dio, prezentas subliman signifon kaj gravecon. Kiel la Universo estas la esprimo de la Dia atributo de kreado, tiel la Korano estas la esprimo – inter aliaj – de la Dia atributo de gvidado kaj estas, kiel la Universo, viva. Ĝi liveras gvidadon en ĉiuj tempoj kaj en ĉiuj cir-

konstancoj. "Ĝi estas kiel bona arbo, kies radiko estas fortikega kaj kies branĉoj atingas la ĉielon. Ĝi estigas siajn fruktojn ĉie pro la dekreto de sia Sinjoro" (14: 25-26). Se nova interpreto estus necesa pro iu ajn neatendita cirkonstanco, la Dia kompato inspirus kaj vigligus la spiriton de iu el Liaj fervoraj servantoj per la bezonata prudento kaj kapabligus lin klarigi ĝin por la homaro. Tio okazis, kiel estis antaŭdirite de la Sankta Profeto (la paco estu super li) en ĉiu jarcento de la Islama erao, kaj liveris la daŭran manifestadon de la Dia promeso, ke la Admono estos tute sekura kaj gardata en ĉiuj tempoj.

La unua duono de la dudeka jarcento vidis senparalelan intelektan kaj sciencan progresadon kaj teknikan antaŭenpuŝon, kiu ŝajnas estigi tute novajn perspektivojn kaj aldoni novajn dimensiojn al la homa ekzistado. Sekve, ĉiuj valoroj, inkluzive de la moralaj kaj spiritaj, kiuj speciale koncernas la religion, estas submetataj al decida elprovo. Laŭ la Dia promeso, la gvidado, kiu estas necesa en tiu ĉi nia epoko, estis pretigita antaŭe, el la Korano, dum la lasta parto de la deknaŭa jarcento kaj komence de la dudeka fare de Die inspirita majstro kaj gvidanto, kiu estis elektita kiel atestanto de la vero de la Sankta Profeto (11:18), kaj en kies persono plenumiĝis la profetaĵo (62:4) de la dua, spirita, alveno de la Sankta Profeto (la paco estu super li). Tiel la Korano estas universala kaj eterna fonto de ĉioampleksanta gvidado. Ĝi provas konvinki racie kaj klarigante, tute ne aŭtoritate: "Ni donis en ĉi tiu Korano ĉiuspecajn similaĵojn por la homaro, por ke ili estu admonitaj. Korano araba, sen iu ajn malrekteco, por ke ili fariĝu justuloj" (39:28-29). Ke dum preskaŭ dekkvar jarcentoj la Korano daŭre antaŭiris de longe la bezonon de gvidado en ĉiuj aferoj, kaj neniam mankis en sia efiko, estas ne nur miriga tributo al ĝia tutenhava saĝo (54:6), sed ankaŭ pruvo senduba de ĝia deveno de la Saĝa, de la Ĉioscia (27:7).

Nek historio, nek arkeologio, nek eltrovo aŭ esploro en la pasinteco, nek la progresoj en scienco kaj tekniko aŭ serĉado aŭ racie fundamentita spekulacio pri la estonteco iam kapablos liveri kontraŭdiron de la vero, kiun enhavas la Korano.

"... ĝi vere estas potenca Libro. Al ĝi ne alproksimiĝas la falso de antaŭe nek de malantaŭe. Tio estas revelacio de la Saĝa, de la Laŭdegenda."(41:42-43). "Jen la revelacio de la Donema, Pardonema. Libro, kies versoj estas vere klaraj, ĝi estas ofte legata, ĝi estas en araba lingvo, por popolo, kiu scias, portanta la bonan novaĵon kaj admonanta" (41:3-5). "La Spirito de Sankteco portis ĝin de via Sinjoro kune kun la vero por firmigi la kredantojn, kiel gvidilon kaj bonan novaĵon por la submetiĝintoj" (16:103). "La Donema instruis la Koranon" (55:2-3). "Ĉi tiu estas vere nobla Korano, en Libro bone gardata, kiun neniu alia povas tuŝi ol la puruloj, revelacio de la Sinjoro de l' Universo" (56:78-81).

La Korano estas nomata Admono (15:10), saĝa admono (3:59). "Vere venis al vi lumo de Allah kaj klara Libro, per kiu Allah gvidas tiun, kiu sekvas Lian plezuron por la afero de la paco, kaj Li kondukas ilin el la mallumo al la lumo per Sia dekreto, kaj gvidas ilin al la rekta vojo" (5:16-17). "Vere tiu ĉi Korano gvidas al tio, kio estas plej bona, kaj portas al la kredantoj, kiuj bonfaras, la bonan novaĵon, ke por ili estos granda rekompenco" (17:10). "Ho vi, homoj! Vere venis al vi la admono de via Sinjoro kaj la resanigo por tio, kio estas en la brustoj, kaj gvidilo kaj kompato por la kredantoj" (10:58).

La gvidado, kiun enhavas la Korano, estas neelĉerpebla. "Diru (ho Profeto! ): "Se la maro estus inko por skribi la vortojn de mia Sinjoro, vere la maro sekiĝus, antaŭ ol finiĝos la vortoj de mia Sinjoro, eĉ se Ni aldonus ankoraŭfoje al ĝi unu

saman kvanton" (18:110). "Se ĉiuj arboj, kiuj estas sur la tero, estus plumoj, kaj la maro inko, kaj sep oceanoj estus aldonitaj al ĝi, tamen ne elĉerpiĝus la vortoj de Allah. Vere Allah estas ĉiopova, saĝa". La Korano asertas la veron de la antaŭaj revelacioj. "Vere Ni sendis la Toraon, en kiu estas gvidilo kaj lumo" (5:45). "Ni lasis Jesuon, la filon de Maria, sekvi iliajn piedsignojn, kiel plenumiĝon de tio, kio jam estis en la Torao, kaj Ni donis al li la Evangelion, en kiu estas gvidilo kaj lumo kaj plenumiĝo de tio, kio jam estis antaŭ ĝi en la Torao, gvidilo kaj admono por la justuloj" (5:47). Ĝi tamen substrekas la fakton, ke la antaŭaj revelacioj suferis interpoladojn kaj ŝanĝojn fare de la manoj de tiuj, kies devo estus gardi ilin (2:80; 3:79).

La Korano estas plenumiĝo de tio, kio estis revelaciita antaŭ ĝi kaj ĝi ankaŭ estas garantio super tio, montrante, kiam necese, la kripligon de la tekstoj aŭ de la signifoj fare de tiuj, kiuj asertas, ke ili sekvas kaj observas la veran kredon. "Ni sendis al vi la Libron kun la vero kiel plenumiĝon de tio, kio estis en antaŭa Skribo kaj kiel protekton por tio" (5:49). "Ho, popolo de la Skribo! Vere venis al vi Nia sendito por klarigi al vi multajn aĵojn el la Skribo, kiujn vi kaŝis, kaj por preterpasi multajn" (5:16). Tio, kio estis fundamenta en la antaŭaj revelacioj, troviĝas ankaŭ en la Korano (98:3-4). Tio, kio havis nur lokan aŭ paseman karakteron, estis forlasita aŭ forigita; kio estis esenca sed estis forgesita, tio estis restarigita, kaj tio, kio respondis al nova bezono, estis liverita. "La miskredantoj el la popolo de la Skribo kaj la idolanoj ne deziras, ke estu sendita al vi io bona de via Sinjoro, sed Allah elektas per Sia graco, kiun Li volas, kaj Allah estas la fonto de granda graco. Ni ne nuligas verson aŭ forgesigas ĝin, antaŭ ol Ni donas alian pli valoran aŭ almenaŭ similan. Ĉu vi ne scias, ke Allah havas povon super ĉiuj aferoj? " (2:106-107). Tio, kaj eĉ pli multe ol tio estas en la Korano: gvidado, lumo, resanigo, saĝo. En ĝi la homaro povus trovi adekvatan kuracilon de ĉiu malbono, pro kiu ĝi suferas hodiaŭ, kaj kiu minacas detrui ĝin morgaŭ. Ĝi estas "revelacio de Tiu, kiu kreis la teron kaj la altajn ĉielojn" (20:5), la Sinjoro de l' Universo (26:193; 32:3; 56:81; 69:44), la Ĉiopova, la Pardonema (36:6), la Ĉiopova, la Saĝa (39:2; 45:3; 46:3), la Ĉiopova, la Ĉioscia (40:3), la Donema, la Pardonema (41:3), la Saĝa, la Laŭdegenda (41:43).

La homaro estas ĉe la rando de senfunda abismo el blekeganta fajro. La sola ilo por atingi sekurecon estas "teni sin forte al la ŝnuro de Allah". "Ho vi, kredantoj! Respektegu Allahon per konvena respekto, kaj ne mortu, antaŭ ol vi estos submetiĝintaj! Tenu vin firme, ĉiuj kune, al la ŝnuro de Allah, kaj ne disiĝu, kaj memoru la favorojn de Allah kontraŭ vi, kiam vi estis malamikoj. Poste Li kunigis viajn korojn per Sia graco, tiel ke vi fariĝis gefratoj, kvankam vi estis ĉe la rando de fajra foso, kaj Li protektis vin de ĝi. Tiel Allah evidentigas Siajn signojn al vi, por ke vi estu gvidataj. Estiĝu inter vi societo, kiu instigu al la bono kaj ordonu la justecon kaj malpermesu la malbonon. Nur tiuj estos sukcesaj (3: 103-105). Havigi al tiuj, kiuj ne posedas la ilojn por atingi la vastajn kaj senlimajn trezorojn de saĝeco kaj gvidado, kiujn enhavas la Korano, eĉ malgrandan porcion da ili, signifas kontentigi la plej akran bezonon de la homo en la plej fatala cirkonstanco de lia sorto.

Neniu povas pretendi, ke li diris la lastan vorton pri la Korano. Kiel la Universo, ĝi estas senlima. Ĝi estas senkompare riĉa kaj multaspekta. Ekzemple la sep koncizaj versoj de la Fâteha, kiuj estis nomitaj la "resumo de la Korano". Plej eminentaj kaj famaj studuloj asertis, jarcento post jarcento, ke ĉiu legado de la Fâteha malkaŝas ĉiam pli riĉajn kaj profundajn verojn.

Eĉ per la plej bonaj haveblaj tradukoj, studulo devas perfektigi sian studadon per specialaj karakteroj, se li volas ricevi utilon per ĝi. La plej gravaj el ili estas respektego kaj humileco. La Korano asertas esti la Vorto de Dio. Komencanto eble povas ne kredi al tio, sed li tamen devas memori kaj respekti tiun aserton, alie li nenion atingos per sia studado, krom seniluziiĝo. La Korano reagas kontraŭ tiu, kiu studadas ĝin, laŭ ties konduto kontraŭ la Korano mem. Se li komencas la studadon per la konvinko, ke ĝi estas simpla elpensaĵo, lia studado akiros neniun rezulton, krom la certigo de lia antaŭjuĝo. Li devas forigi el sia spirito ĉiun antaŭjuĝon kaj sincere deziri lerni kaj estimi.

Serĉanto devus elesperi saĝecon de Allah kaj li devus konservi sian sintenon de respektego (71:14). La Korano postulas komprenemon kaj pripensadon kaj malfermitan spiriton fare de tiu, kiu elesperas utilon de ĝi (47:25). Ĝi respektas la prudenton de la leganto kaj postulas de li, ke li uzu ĝin. Ĝi estas, ekzemple, plena de metaforoj, similaĵoj kaj paraboloj diversspecaj. Ĝi plejofte atentigas pri naturaj fenomenoj kaj klarigas pere de la fizikaj kaj materiaj aĵoj la metafizikajn kaj spiritajn.

Estas karakterize pri la Korano, ke ĝi liveras sian propran interpreton, kaj ke ĝi estas fidinda gvidanto ankaŭ tiurilate. Kiam fundamenta leĝo estas proklamita, ĝi estas neŝanĝebla (33:63; 35:44; 48:24). Ĉiu anonco, kiu ŝajne kontraŭdiras ĝin, devas esti akurate klarigita kaj interpretita. Ekzemple: "Ne estas ŝanĝo en la kreo de Allah" (30:31) estas fundamenta leĝo. Ni tamen legas ankaŭ: "Vi certe scias, kiuj el vi pekis kontraŭ la devo de la sabato. Ni diris al ili: "Estu simioj, forpelindaj! " (2:66), aŭ aliloke: "...tiuj, kiujn Allah malbenis, kaj kontraŭ kiuj Li koleris, kaj kiujn Li faris simioj kaj porkoj, kaj kiuj adoras la idolojn" (5:61). Estas evidente, ke "simioj" kaj "porkoj" en ĉi tiuj versoj signifas homojn havantajn ties kvalitojn.

Ankoraŭ: "Estas nenuligebla la dekreto super urbo, kiun Ni detruis, ke ili ne revenos" (21:96). "Kiam venas al iu el ili la morto, li diras: Ho mia Sinjoro! Resendu min, por ke mi agu bone pri tio, kion mi postlasis. Neniel! Estas nur vortoj, kiujn li elparolas, kaj malantaŭ ili estas barilo ĝis la tago, en kiu ili estos vekitaj" (23:100-101). Estas do fundamenta leĝo, ke tiuj, kiuj demetas ĉi tiun vivon, ne revenas. Ni tamen legas en 2:260: "Allah igis lin kuŝi mortinta cent jarojn, poste Li vekis lin". El la kunteksto evidentiĝas tamen, ke Allah igis lin d o r m i, kaj revelaciis al li dum lia dormo la okazontaĵojn de la venontaj cent jaroj. En la tuj sekvanta verso (2:261), ni legas pri la peto de Abraham: "Sinjoro, montru al mi, kiel Vi revivigas la mortintojn", sed en tio evidente temas pri la revivigo de popoloj spirite mortintaj kaj tute ne pri la reveno en ĉi tiun mondon de iu ajn homo, kiu lasis ĝin. Ĉiam, kiam reveno al la vivo post la morto estas menciita, ĝi signifas spiritan reviviĝon de tiuj, kiuj ankoraŭ ne mortis. "Ho vi, kredantoj! Respondu al Allah kaj al la sendito, kiam li vokas vin, por ke Li revivigu vin".

La Korano, estante la Vorto de Allah, estas tute pura, kaj postulas de tiuj, kiuj volas penetri en ĝian plej profundan signifon, purecon de pensado, agado, celo kaj projekto (56:80). Ju pli granda la pureco de studanto de la Korano, des pl ampleksa kaj klara estos lia komprenado de ĝia signifo.

La Korano estas plej konciza sed tamen multaspekta, kaj ĝi senĉese postula profundan pripensadon (4:83). Se oni ne uzas tiun kapablon, tio estigas la ser substancan kaj tute eraran sekvon, ke ekzistas tre malmulte da ordo en la sekv

de la Korano. Fakte, kiu pripensas kaj provas malkovri la ordon de la sekvo en la Korano, tiu estas riĉe rekompencata kaj malkovras ne nur ordon, sed aron da kontentigaj kaj revelaciantaj ordoj en la sekvo kaj en la interdependeco de ĝiaj versoj kaj ĉapitroj, en kompleta harmonio kun la esploro, kiun li entreprenis. Ankaŭ tiurilate la Korano estas do kiel la Universo. Por la teditaj okuloj de hazarda rigardanto, la pejzaĝo, kiun li trairas, eble prezentas senordan sekvon de natura beleco, sed li certe ne trovos iun ajn ordon en ĝi. Por la sperta okulo de geologo, botanikisto, herbokolektisto, pentristo, la sama pejzaĝo prezentas multenombrajn kaj tamen bone kunordigitajn aspektojn. Ekzistas perfekta harmonio en la Universo, oni ne povas trovi en ĝi malordon aŭ mankon (67:4-5). Same estas pri la Korano: en ĝi ne ekzistas kontraŭdiroj (4:83).

La celo de la Korano estas doni gvidadon al la homaro, por ke ĝi estu gvidata al la vojo, kiu kondukos ĝin al la Kreinto en stato de kompleta submetiĝo al Li, tiel plenumante la celon de la kreo. "Libro, kiun Ni sendis al vi, por ke vi konduku la homaron for de la mallumo al la lumo per la dekreto de ilia Sinjoro sur la vojon de la Ĉiopova, de la Laŭdegenda, de Allah, al kiu apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero" (14:2). Por tiu celo ĝi atentigas pri ĉiuspecaj fenomenoj kaj revelacias vastajn trezorojn de profundaj veroj, sed ĉio ĉi tamen estas nur por difinita celo kaj devas esti rigardata en tiu kunteksto.

Ekzemple, la Korano anoncas multajn historiajn faktojn por substreki la diversajn aspektojn de la gvidado, ĝi tamen ne estas historia libro. Ĝi atentigas pri diversaj fazoj de la kreo de la Universo (21:31) kaj de la homo (71:14; 32:8; 40:68) sed ĝi ne estas traktato pri kosmologio aŭ pri la origino de la specoj. "Estas Li Tiu, kiu kreis la nokton kaj la tagon kaj la sunon kaj la lunon. Ĉiu el ili ambaŭ ŝvebas en sia sfero" (21:34), "...kaj Li servigis ilin al vi, la sunon kaj la lunon senĉese revenantajn" (14:34), "... Li kreis la sunon kaj la lunon kaj la stelojn, kiuj servas laŭ Lia ordono. Ĉu ne apartenas al Li la kreo kaj la leĝo? Benata estu Allah, la Sinjoro de l' Universo! " (7:55). "Li servigis al vi la nokton kaj la tagon kaj la sunon kaj la lunon, kaj la steloj estas servemaj pro Lia ordono. Vere en tio estas signo por popolo komprenema" (16:13). La Korano tamen ne estas traktato pri astronomio.

Ĝi aludas al la leĝo, kiu revivigas la sekiĝintan teron per pluvo (7:58) kaj al la miriga sistemo, per kiu dolĉa kaj sala akvo estas en riveroj kaj oceanoj (25:54; 35:13), sed ĝi ne estas lernolibro pri meteorologio aŭ hidraŭliko.

"Vere Ni kreis la homon el pura argilo, poste Ni metis lin kiel spermoguton en sekuran restadejon, poste Ni faris la spermoguton buleto el koaguliĝinta sango, poste Ni faris la koaguliĝintan sangon peco da karno, poste Ni estigis el la peco da karno ostojn, poste Ni vestigis la ostojn per muskoloj, poste Ni elirigis ĝin al la lumo kiel novan kreitaĵon. Estu do laŭdegata Allah, la plej bona Kreinto! " (23:15). Tio estis revelaciita antaŭ dekkvar jarcentoj, la Korano tamen ne estas verko pri akuŝarto.

Ĝi mencias, ke al David kaj al Salomono estis instruita la metodo por fandi feron kaj kupron (34:11-14) kaj tio estis certigita antaŭ nelonge per la eltrovo de fornegoj, kiuj estis uzataj por tiu celo. La Korano tamen ne estas instruilo pri metalurgio. Ĝi admonas pri iam florantaj antikvaj civilizacioj, multe pli progresintaj, ol tiu en Centra Arabujo en la sepa jarcento de la Kristana erao, kiuj estis neniigitaj pro malobeo kaj malbonfarado de la popolo (30:10), kaj la eltrovo de iliaj restaĵoj en diversaj regionoj de Arabujo liveris la pruvon. Sed la Korano ne estas libro pri arkeologio.

Ĝi asertas, ke, kiam Faraono, kiu persekutis Moseon kaj la Hebreojn, preskaŭ atingis ilin, kaj li vidis la ondegon, kiu englutos lin, li petis kompaton de Dio kaj al li estis dirite, ke lia lastminuta pento ne utilos, sed: "Ni tamen volas savi hodiaŭ vian korpon, por ke vi mem estu signo por la posteuloj" (10:93). Tio estis certigita per la eltrovo de lia korpo en la jaro 1909. La Korano tamen ne okupiĝas pri egiptologio.

La profetaĵoj, kiujn enhavas la Korano, senĉese plenumiĝas en ĉiuj tempoj. Ĉio ĉi estas nur certigo de la celo de la Korano, kiu estis klarigita ĉi-supre.

Necesega ilo por profitdonanta studado de la Korano estas la preĝo. Tiu, kiu provas malkovri la veran signifon kaj la gvidadon, kiujn enhavas la Korano, ne povas ignori la neceson petegi inspiradon fare de la Ĉioscia (40:61; 29:70).

Al d-ro Italo Chiussi oni devas gratuli pro lia entrepreno, verki tradukon de la Nobla Korano en la lingvon Esperanto, kiu devus fariĝi komuna dua lingvo en ĉiam pli vastaj regionoj, kaj tiel pavimi la vojon por la komprenado de la Korano por tiuj, kiuj ne havas taŭgan tradukon en sia propra lingvo, sed scipovas Esperanton. Tial ĝi estas altvalora faro. Traduki ne estas facila tasko. Interpreto el unu lingvo en alian prezentas eminentajn problemojn. Precipe pri la Korano, kiu estis difinita de famaj sciencistoj kiel "netradukebla", la malfacilaĵoj estas eĉ pli grandaj. La lingvo, la stilo, la koncizo kaj ekonomio de la esprimoj, la diversaj aspektoj, kiuj estas karakterizaj de la Korano, faras la taskon delikata kaj komplikita.

D-ro Chiussi laboris diligente, per metodo de kontroloj kaj re-kontroloj, elpensitaj de li mem kaj de aliaj scienculoj, sur la tereno de ekzegezo kaj de semantiko, por fari sian laboron kiel eble plej proksima al la spirito de la originalo, en la limoj de la homa kapablo. Lia laboro estis laboro karakterizita per amo, kaj estas la amo tiu, kiu liveras la plej veran kaj intiman konon.

Fervore oni devas esperi, ke la altvalora laboro de d-ro Chiussi estos entuziasme bonvenigita en ĉiuj rondoj, en kiuj oni komprenas Esperanton. Ĝi certe estos elstara aldonaĵo por ĉiu Esperanta biblioteko, ĉu publika, ĉu privata.

La intereso pri la studado de la Korano vigliĝis tre intense en la lastaj jaroj inter la okcidentaj studuloj kaj pensuloj. Tio estas feliĉa evoluiĝo precipe en tempo, en kiu kritika studado de ĉiuj valoroj – ĉu materiaj, ĉu moralaj, ĉu spiritaj – ĉie progresas. Pro tiu progreso estiĝos ĉiam pli vasta intereso pri la valoroj, kiujn la Korano donacis rilate al ĉiuj cirkonstancoj de la homa strebado. Mi estas certa, ke la verko de d-ro Chiussi estos tre valora kontribuaĵo al tiu celo. Mi preĝas por ke tio efektiviĝu, kaj ke la laboro de d-ro Chiussi estu akceptita de Tiu, kiu faris la gvidadon de la Korano deviga por la homaro. Amen.

Hago, en Majo 1968

Zafrulla Khan

Zafrulla Khan

## Antaŭparolo de la tradukinto

Ĵus mi ektuŝis la klavaron de mia skribmaŝino por tajpi la lastan vorton de la Esperanta traduko de "La nobla Korano" kaj nun urĝas min la devo kiel eble plej rapide daŭrigi kaj fini mian laboron per ĉi tiu klariga "antaŭparolo", por ke mi ne subfalu al la tento bruligi la paĝojn, kiuj kviete kuŝas sur mia tablo, ordigitaj kaj pretaj por la eldonejo.

Estas du motivoj, kiuj malhelpas tiun agon: unue la kaŭzo mem de mia traduklaboro, nome la firma konvinko, ke la ekkono de "La Legaĵo" – kvankam nur pere de neperfekta kopio – estas utila kaj laŭdinda, kaj due la fakto, ke mi ne kuraĝas seniluziigi la eldoniston, kiu jam atendas mian manuskripton.

Restas tamen en mi akra sento de neadekvateco, ĉar – malgraŭ la riĉeco de la Esperanta lingvo, kiu eble faras ĉi tiun tradukon iusence eĉ pli taŭga ol kelkaj nacilingvaj (sen merito miaflanka) – mi tro evidente ne sukcesis traduki tiel adekvate, kiel mi esperis tute komence, la kolorojn kaj la forton de la bildoj, kiujn oni senpere perceptas el la araba originalo.

Bonvolu permesi al mi kelkajn rimarkojn pri mia metodo de traduko:
La Korana lingvo estas, en sia mirinda fleksebleco, tiel riĉa je metaforoj intime kunligitaj kun la pensmaniero kaj kun la kutimoj de la araba popolo kaj ofte ankaŭ kun la okazintaĵoj de la originoj de la Islamo, ke tute laŭlitera traduko certe fariĝus malfacile komprenebla por alilingvanoj aŭ alilandanoj. Pro tio mi klopodis aranĝi tradukon, kiu respektu la intencojn de la originala teksto, tamen ankaŭ konsideru la okcidentan imagkapablon.

Laŭ la ĝenerala strukturo de la araba lingvo, estas kutime, ke la verboj liveras la radikojn de la diversaj "esprimunuoj" (kiel cetere en ĉiuj semidaj lingvoj, kies bazo estas pli ofte agoj ol statoj aŭ objektoj). La substantivoj kutime devenas de la verboj, tamen iufoje okazas la malo, kaj tio precipe pri esprimoj, kiuj estas proksimume klarigeblaj sed tute ne tradukeblaj, se per tio oni komprenas la paŝon de unu vorto per unu vorto. En tiuj okazoj mi preferis reteni la araban vorton en la teksto kaj klarigi ĝin per piednotoj (ekz. Ka'ba, Kibla, Umra, ktp).

Por ke la legado estu kiel eble plej malofte interrompita, mi tamen klopodis eviti inflacion da piednotoj, sed tio devigis min iufoje akcepti kompromisojn por uzi koncizajn esprimojn, kiuj nur neperfekte ebligas elvoki la originan intencon. Tio okazis ekzemple je la provo traduki du esprimojn, kiuj revenas tre ofte en la araba teksto kaj bedaŭrinde ne posedas paralelajn vortojn eĉ en la esprimriĉa Esperanta lingvo, nome: Rahmân kaj Rahîm. Ĉi-tiuj du vortoj estas la Diaj atributoj plej ofte citataj en la Korana teksto kaj signifas:

Rahmân: Dia atributo, kiu esprimas la senfinan radiadon de favoroj kaj graco, kiuj devenas propramove de Li por la tuta Universo kreita, ek de la komenco de la tempo, sen iu ajn merito flanke de la kreitaĵoj vivantaj aŭ nevivantaj, kiuj ricevas ilin. Mia traduko estas: Donema.

Rahîm: Dia atributo, kiu esprimas la fakton, ke Li distribuas favorojn kaj gracojn al la homoj kiel rezulton de iliaj preĝoj kaj bonfaroj, tamen laŭ Sia saĝa decido, t.e. celante la veran bonon de la preĝanta homo, tial do ne ĉiam sekvante lian propran intencon esprimitan per la preĝo. Ĉar parto de tiuj gracoj estas la pardono, mi tradukis per: Pardonema.

Per tiuj ĉi du ekzemploj mi intencis ankaŭ klarigi, kial mi kelkafoje en mia laboro ankaŭ uzis la principon "esperantigi" t.e. "belsonigi" la esprimojn, kiam tio ne riskis troe kripligi la signifon. Mia traduko — mi tion konfesas sen falsa hontemo — estis farita, ĉar mi intencis diskonatigi la noblan Libron en Esperantujo, kaj por tiu celo mi devis klopodi atingi belsonan kaj facile legeblan tekston sen tro multe da citaĵoj kaj klarigoj, kiuj plejfoje nur interrompus la plezuron de la legado, tamen ne aldonante ion esencan al la komprenebleco. Principe mi ankaŭ devis akcepti la fakton neforigeblan, ke iuj gramatikaj formoj, kiel ekzemple la "dualo", ne trovas sian respondan formon en Esperanto. Kiam estis necese esprimi la dualon, mi faris tion per la vorto "ambaŭ" aldonita al la persona pronomo.

Tre longe mi hezitis pri la elekto de la pronomo en la dua persono. En la Korana teksto ofte ekzistas grava diferenco inter la uzado de la ununombra kaj de la multenombra aŭ de la duala pronomo. Eble oni riproĉos ke mi elektis "modernan lingvon", forlasante kelkajn nuancojn, sed mi ne povis devigi min al la sistema uzado de la peza vorteto "ci", kiu ankaŭ en Esperanto estus tro nekutima por vivanta teksto, kiel miaopinie la Korano ĉiam estas.

Miaj intencoj estis honestaj kaj pro tio mi esperas ke la eraroj kaj la neadekvateco estos pardonitaj. Mi estus plene kontenta, se la legado de ĉi tiu traduko povus eĉ inciti la legantojn al la studado de la belega araba lingvo, por ke ili mem povu decidi ĉu mia provo sukcesis, almenaŭ duone, aŭ malsukcesis. Mi nur esperas ke mi ne meritos la verdikton, kiun miaj samlandanoj kutimas esprimi per la ŝerca itala vorto: "traduttore — traditore": (tradukinto — perfidulo).

Miajn plej elkorajn dankojn al s-ro Fazle Ilahi Anweri, Lagos (Nigerio), kiu helpis min en mia laboro per senĉesa morala subteno, konsilo kaj altvaloraj klarigoj kaj interpretado, kaj al d-ro Nassif Isaac, Cairo, kiu akurate kaj sindone kontrolis la tutan tradukon dum monatoj da inteligenta kaj diligenta laboro. Danke al la perado de la Universala Esperanto-Asocio mi sukcesis havigi al mi la plej altvaloran kunlaboron, kiun mi povis esperi rilate al la kontrolo de la lingva kvalito: prof. Gaston Waringhien, la prezidanto mem de la Akademio de Esperanto, akceptis la taskon tralegi mian tradukon kaj li prezentis al mi multajn rimarkojn kaj konsilojn, kiuj certe plibonigis la lingvan nivelon. Ankaŭ en ĉi tiu okazo mi sentas la devon prezenti al li mian plej sinceran dankon.

Prof. D-ro Italo Chiussi

## PRI ĈI TIU LIBRO

La Korano (laŭlitere: La ofte legata) estas la sankta libro de la Islamanoj (Muslim-oj) kaj prezentas, kune kun la "Ahadīs" (Diroj) kaj la "Sunna" (Agoj) de la Profeto Mahometo, la skribitan fundamenton de la Islama religio, de la kredo je Allah* (la unu Dio). La Islamanoj ne deziras esti nomataj Mahometanoj,kiel estas kutime en Okcidento, ĉar ili rigardas Mahometon nur kiel Profeton, tute ne kiel Dian estaĵon aŭ ion adorindan.

Por doni kelkajn ĝeneralajn ideojn, kiuj povas helpi la komprenadon de la centra temo, jen iuj "Ahadīs", rilatantaj kun la formalaj kaj kun la esencaj aspektoj de la Islamo.

## LA EKSTERA IDEO DE LA ISLAMO – LA RITOJ

1) La ses artikoloj de la fido
Raportis Omar, filo de Khatāb (Allah benu lin! ): diris la sendito de Allah (la paco kaj la beno de Allah estu kun li! ): tio, kio necesas por la fido estas, ke vi kredu je Allah kaj je Liaj anĝeloj kaj je Liaj Libroj kaj al Liaj Profetoj kaj al la Tago de la Lasta Juĝo kaj je Lia povo super la bono kaj la malbono. (Muslim)

1) La kvin kolonoj de la Islamo
Raportis Abdullah, filo de Omar: diris la sendito de Allah: la Islamo staras sur kvin (kolonoj): la atestado de la koro kaj de la lango, ke neniu alia Dio ekzistas ol Allah kaj ke Mahometo estas Lia sendito; plenumi la ritan preĝon; pagi la imposton por la malriĉuloj; plenumi la pilgrimon al la Domo; fasti en la monato Ramadān. (Bukhāri)

3) Pri la pozicio de Mahometo en la Islamo
Raportis Ĝabīr: diris la sendito de Allah: al mi estas donitaj kvin distingiloj, kiuj ne estis donitaj al iu ajn antaŭe: respektego de Dio tiel granda kiel unumonata vojaĝo; por mi la tuta tero fariĝis moskeo kaj purigejo; la milita kaptaĵo fariĝis laŭleĝa, dum antaŭe ĝi neniam estis laŭleĝa; al mi estas donita la kapablo por propeti antaŭ Dio; la antaŭaj Profetoj estis senditaj ĉiu al sia propra popolo, mi male estas sendita al la tuta homaro. (Bukhāri)

---

* Elparolita: Allā'

4) Citaĵo el la Nobla Korano (ĉapitro dudek-naŭa, verso 70a):
Tiujn, kiuj strebas por Nia afero, Ni gvidos sur Niajn vojojn. Vere Allah estas kun tiuj, kiuj bonfaras.

5) Raportis Anās: diris la sendito de Allah: diras Allah: kiam Mia servanto alproksimiĝas al Mi unu colon, Mi alproksimiĝas al li unu futon, kiam li alproksimiĝas al Mi unu futon, Mi alproksimiĝas al li unu klafton kaj, se li venas al Mi marŝante, Mi iras al li kurante. (Bukhāri)

6) Raportis Abu-Hurajra: diris la sendito de Allah: Vere diros Allah en la tago de la Juĝo: "Ho ido de la homo, Mi estis malsana kaj vi ne zorgis pri Mi" kaj tiu respondos: "Ho mia Sinjoro! Kiel mi povis zorgi pri Vi, dum Vi estas la Sinjoro de la ĉieloj? ". Li diros: "Ĉu vi ne plu memoras, kiam tiu servanto Mia malsaniĝis, kaj vi ne zorgis pri li? Ĉu vi ne scias, ke, se vi estus irinta al li, vi trovus Min ĉe li? Ho ido de la homo, Mi petis manĝaĵon de vi kaj vi ne nutris Min". Tiu demandos tiam: "Ho mia Sinjoro, kiel mi povis nutri Vin, dum Vi estas la Sinjoro de la ĉieloj? " kaj Li respondos: "Ĉu vi ne plu memoras, kiam tiu servanto Mia petis manĝaĵon de vi, kaj vi ne nutris lin? Ĉu vi ne scias, ke, se vi estus nutrinta lin, vi farus tion al Mi? ". (Muslim)

7) Raportis Abu-Zarr: diris la sendito de Allah: kiam vi kuiras vian supon, aldonu akvon kaj zorgu pri via najbaro. (Muslim)

8) Raportis Abu-Hurajra: diris la sendito de Allah: la karitato neniam malpliigas la havaĵojn de iu ajn homo kaj la pardono nur pliigas lian honoron. Kiu ajn humiliĝas pro amo al Allah, tiun Allah altigas. (Muslim)

9) Citaĵo el la Nobla Korano (ĉapitro tria Āl-'Imrān", verso 32a)
"Diru: Se vi amas Allahon, sekvu min kaj Allah amos vin".

10) Hadīs (el la kolektoj Bukhāri kaj Muslim):
Diris la sendito de Allah: vere Allah posedas cent kvantojn da amo. El ili Li sendis unu al la Ĝinnoj, al la homoj, al la malsovaĝaj kaj al la sovaĝaj bestoj, al ĉiuj kune, kaj el ĝi estiĝis la tuta inklino kaj la tuta amo de la estaĵoj unu al la alia kaj al siaj idoj. Naŭdeknaŭ partojn Allah rezervis por ami Siajn servantojn en la tago de la reviviĝo.

11) Raportis Anās: diris la sendito de Allah: vere mi ĵuras per Tiu, en kies mano estas mia animo: neniu el vi estas vera kredanto, kiu ne deziras al sia frato la samon, kion li deziras al si mem.

*Rimarko de la tradukinto*

*Estas rekomendite al la islamanoj legi la Koranon kiel eble plej ofte kaj lerni ĝiajn instruojn tre akurate, ĉar ĝi prezentas la bazon mem de la kredo. Precipe en la Monato Ramadān oni devus legi ĝin tute kaj pro tio, laŭ la tradicio, la tuta libro estas dividita en tridek partojn, el kiuj ĉiu estas legenda dum unu tago de la monato. En ĉi tiu traduko la divido en partojn estas tial ankaŭ donita.*
*Alian dividon oni same devis respekti, nome tiun en "ruku-ojn", t.e. en sekciojn, interne de ĉiu ĉapitro, kiuj prezentas kompletajn, logike en si fermitajn pensunuojn. Tiun dividon la traduko tute simple esprimas per iomete pli da spaco inter la lasta verso de unu "ruku" kaj la unua de la sekvanta. Tio kaŭzas certan tipografian neregulecon, kiu tamen estas necesa, ĉar ĝi plenumas precizan funkcion.*

*Noto pri la dua eldono*

*La unua eldono (1969) de "La Nobla Korano" vekis – ne nur en la Esperantomovado – vastan eĥon kaj grandegan intereson. Ŝtatestroj kaj eminentuloj el la islama mondo pruvis, per siaj leteroj al la eldonisto kaj al la tradukinto, ke la publikigo de tiu verko povus liveri la bazon por estigi intensajn rilatojn inter Islamo kaj Esperantaj rondoj.*

*Post kvin monatoj ekde la apero la unua eldono tute elĉerpiĝis.*

*Ĉi tiu dua eldono, kiu tuj sekvas, ne estas refarita teksto. La ŝanĝoj de tre limigita amplekso, kiujn eldonisto kaj tradukinto rigardis necesaj, koncernas tute simple kelkajn esprimojn, kiuj, sub la vidpunkto de akurata kritiko, ŝajnis eble klarigindaj respektive pliboniginda.*

*La araba teksto estas kontraŭe tute neŝanĝita, kaj korespondas al la originala prateksto.*

*Eldonisto kaj tradukinto*

# ALFABETA INDEKSO DE LA ĈAPITROJ




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Estu laŭdegata Allah, Sinjoro de l' Universo,

3. la Donema, la Pardonema,

4. Majstro de la tago de la Lasta Juĝo.

5. Nur Vin ni adoras kaj nur ĉe Vi ni serĉas helpon.

6. Gvidu nin sur la rektan vojon,

7. sur la vojon de tiuj, al kiuj Vi donis Vian gracon, kiuj ne meritis Vian koleron, kiuj ne eraris.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ۝١ المنزل ١
اَلْحَمْدُ لِلّٰهِ رَبِّ الْعٰلَمِيْنَ ۝٢
الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ۝٣
مٰلِكِ يَوْمِ الدِّيْنِ ۝٤
اِيَّاكَ نَعْبُدُ وَاِيَّاكَ نَسْتَعِيْنُ ۝٥
اِهْدِنَا الصِّرَاطَ الْمُسْتَقِيْمَ ۝٦
صِرَاطَ الَّذِيْنَ اَنْعَمْتَ عَلَيْهِمْ ۙ غَيْرِ الْمَغْضُوْبِ
عَلَيْهِمْ وَلَا الضَّآلِّيْنَ ۝٧ ع

سورة البقرة مدنية (٢)

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Mīm.**

3. Ĉi tiu estas la Libro, en kiu ne estas dubo, gvidilo por la justuloj,

4. por tiuj, kiuj kredas je la Nevideblaĵoj kaj levas la preĝon kaj distribuas almozojn el tio, kion Ni donacis al ili,

5. por tiuj, kiuj kredas je tio, kio estis revelaciita al vi, kaj je tio, kio estis revelaciita antaŭ vi, kaj firme kredas al la vivo venonta.

6. Por ili estos la gvidado de ilia Sinjoro kaj ili estos sukcesaj.

7. Vere tiuj, kiuj ne kredas – kaj por ili estas egale, ĉu vi ilin admonas aŭ ne admonas – ili ne volas kredi;

8. Allah sigelis iliajn korojn kaj iliajn orelojn kaj dika vualo kovras iliajn okulojn; por ili estos terura turmento.

9. Inter la homoj estas iuj, kiuj diras: "Ni kredas je Allah kaj al la Tago de la Juĝo", sed tamen ne estas kredantoj;

بسم الله الرحمن الرحيم ①

الم ②

ذلك الكتب لا ريب فيه هدى للمتقين ③

الذين يؤمنون بالغيب ويقيمون الصلوة ومما

رزقنهم ينفقون ④

والذين يؤمنون بما انزل اليك وما انزل من

قبلك وبالاخرة هم يوقنون ⑤

اولئك على هدى من ربهم واولئك هم

المفلحون ⑥

ان الذين كفروا سواء عليهم ءانذرتهم ام

لم تنذرهم لا يؤمنون ⑦

ختم الله على قلوبهم وعلى سمعهم وعلى

ابصارهم غشاوة ولهم عذاب عظيم ⑧

ومن الناس من يقول امنا بالله وباليوم الاخر

وما هم بمؤمنين ⑨

* v. la verson 68an k.sekv.

** Entute 28 ĉapitroj de la Korano komenciĝas per similaj mallongigoj. Laŭ iuj tradicioj ĉiu litero prezentas specialan atributon aŭ sencon intime ligitan kun la enhavo de la koncerna ĉapitro. Ĉi tie la klarigo kutime akceptata de la tri literoj Alef (A), Lām (L) kaj Mīm (M) estas: Mi, Allah, Ĉioscia.

10. ili volus trompi Allahon kaj la kredantojn, sed ili ne sukcesas trompi iun alian ol sin mem; ili tamen ne konscias tion;

11. en iliaj koroj estas malsano, kaj Allah pliigis tiun malsanon, kaj por ili estos dolora puno, ĉar ili mensogadis.

12. Kiam estas dirite al ili: "Ne estigu malpacon sur la tero", ili respondas: "Male, ni estas pacemuloj! ".

13. Aŭskultu! Vere ili estas malpacemuloj, sed ili ne konscias tion.

14. Kiam estas dirite al ili: "Kredu vi, kiel jam aliaj kredis! ", ili respondas: "Ĉu ni kredu kiel la stultuloj? ". Aŭskultu! Vere ili mem estas stultuloj, sed ili ne scias tion.

15. Kiam ili renkontas la kredantojn, ili diras: "Ni kredas", sed kiam ili kaŝe kunvenas kun siaj delogistoj, ili diras: "Vere ni estas kun vi, vere ni nur mokadis".

16. Allah repagos ilin pro ilia mokado kaj lasos ilin progresi je ilia malpiegeco; ili vagados kiel blinduloj.

17. Estas ili tiuj, kiuj aĉetis eraradon kontraŭ gvidado, sed tiu komerco ne havigis al ili iun ajn profiton, ili certe ne estas gvidataj.

18. Ili similas al homo, kiu ekbruligis fajron: kiam ĝi ĉirkaŭe ĉion eklumigas, Allah forprenas ilian lumon kaj lasas ilin en la mallumo; ili nenion vidas:

19. surdaj, mutaj, blindaj; ili ne revenos.

20. Aŭ alie: kiel pluvego el la nuboj; en ĝi estas mallumo kaj tondro kaj fulmo; ili metas siajn fingrojn en siajn orelojn pro la fulmofrapo kaj timas la morton; Allah ĉirkaŭas la miskredantojn.

يخادعون الله والذين آمنوا وما يخدعون
إلا أنفسهم وما يشعرون ﴿١٠﴾
في قلوبهم مرض فزادهم الله مرضا ولهم
عذاب أليم بما كانوا يكذبون ﴿١١﴾
وإذا قيل لهم لا تفسدوا في الأرض قالوا إنما
نحن مصلحون ﴿١٢﴾
ألا إنهم هم المفسدون ولكن لا يشعرون ﴿١٣﴾
وإذا قيل لهم آمنوا كما آمن الناس قالوا أنؤمن
كما آمن السفهاء ألا إنهم هم السفهاء ولكن
لا يعلمون ﴿١٤﴾
وإذا لقوا الذين آمنوا قالوا آمنا وإذا خلوا إلى
شياطينهم قالوا إنا معكم إنما نحن مستهزئون ﴿١٥﴾
الله يستهزئ بهم ويمدهم في طغيانهم
يعمهون ﴿١٦﴾
أولئك الذين اشتروا الضلالة بالهدى فما
ربحت تجارتهم وما كانوا مهتدين ﴿١٧﴾
مثلهم كمثل الذي استوقد نارا فلما أضاءت
ما حوله ذهب الله بنورهم وتركهم في ظلمات
لا يبصرون ﴿١٨﴾
صم بكم عمي فهم لا يرجعون ﴿١٩﴾
أو كصيب من السماء فيه ظلمات ورعد وبرق
يجعلون أصابعهم في آذانهم من الصواعق حذر

21. La fulmo preskaŭ forprenas ilian vidadon; kiam ĝi ilin eklumigas, ili iras en ĝia lumo, kaj kiam fariĝas mallume, ili haltas. Se Allah volus, Li forprenus ilian aŭdadon kaj ilian vidadon: vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

22. Ho vi homoj! Adoru vian Sinjoron, kiu kreis vin kaj tiujn, kiuj estis antaŭ vi, por ke vi estu ŝirmataj;

23. kiu faris por vi la teron kuŝejo kaj la ĉielon tegmento kaj sendis el la ĉielo akvon; poste Li sendis al vi nutraĵon el fruktoj. Do ne aldonu rivalojn al Allah; la veron vi ja konas.

24. Se vi tamen estas en dubo pri tio, kion Ni sendis al Nia servanto, vi alportu ĉapitron kiel estas tiu ĉi kaj voku viajn atestantojn* anstataŭ Allahon, se vi estas sinceraj.

25. Sed se vi ne faros tion -- kaj vi neniam kapablos fari tion – timu la fajron, kies nutraĵo estas homoj kaj ŝtonoj**: ĝi estas pretigita por la miskredantoj.

26. Kaj vi, vi donu la bonan novaĵon al la kredantoj, ke por ili estos ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj. Ĉiam, kiam ili ricevos nutraĵon el iliaj fruktoj, ili diros: "Tio estas, kion ni kutimis ricevi antaŭe! " ĉar al ili estos donataj similaj donacoj. Tie estos por ili puraj edzinoj kaj tie ili restos por ĉiam.

27. Vere, Allah ne rifuzas doni klarigon eĉ pri aĵo tiel malgranda kiel muŝeto kaj eĉ pli malgranda. La kredantoj scias, ke tio estas la vero de ilia Sinjoro, sed la miskredantoj diras: "Kion intencas Allah per tiu klarigo? ". Per tio Li sigelas la eraradon de multaj kaj per tio Li gvidas multajn, kaj Li ne erarigas iun alian ol la malobeemulojn,

* t.e: la rivalojn (idolojn)
** la idoloj mem

الْمَوْتِ ۚ وَاللَّهُ مُحِيطٌ بِالْكَافِرِينَ ﴿٢٠﴾
يَكَادُ الْبَرْقُ يَخْطَفُ أَبْصَارَهُمْ ۖ كُلَّمَا أَضَاءَ لَهُمْ مَشَوْا
فِيهِ وَإِذَا أَظْلَمَ عَلَيْهِمْ قَامُوا ۚ وَلَوْ شَاءَ اللَّهُ لَذَهَبَ
بِسَمْعِهِمْ وَأَبْصَارِهِمْ ۚ إِنَّ اللَّهَ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٢١﴾ ع

يَا أَيُّهَا النَّاسُ اعْبُدُوا رَبَّكُمُ الَّذِي خَلَقَكُمْ وَالَّذِينَ
مِنْ قَبْلِكُمْ لَعَلَّكُمْ تَتَّقُونَ ﴿٢٢﴾
الَّذِي جَعَلَ لَكُمُ الْأَرْضَ فِرَاشًا وَالسَّمَاءَ بِنَاءً
وَأَنْزَلَ مِنَ السَّمَاءِ مَاءً فَأَخْرَجَ بِهِ مِنَ الثَّمَرَاتِ
رِزْقًا لَكُمْ ۖ فَلَا تَجْعَلُوا لِلَّهِ أَنْدَادًا وَأَنْتُمْ تَعْلَمُونَ ﴿٢٣﴾
وَإِنْ كُنْتُمْ فِي رَيْبٍ مِمَّا نَزَّلْنَا عَلَىٰ عَبْدِنَا فَأْتُوا
بِسُورَةٍ مِنْ مِثْلِهِ وَادْعُوا شُهَدَاءَكُمْ مِنْ دُونِ
اللَّهِ إِنْ كُنْتُمْ صَادِقِينَ ﴿٢٤﴾
فَإِنْ لَمْ تَفْعَلُوا وَلَنْ تَفْعَلُوا فَاتَّقُوا النَّارَ الَّتِي وَقُودُهَا
النَّاسُ وَالْحِجَارَةُ ۖ أُعِدَّتْ لِلْكَافِرِينَ ﴿٢٥﴾
وَبَشِّرِ الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ أَنَّ لَهُمْ جَنَّاتٍ
تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ ۖ كُلَّمَا رُزِقُوا مِنْهَا مِنْ
ثَمَرَةٍ رِزْقًا ۙ قَالُوا هَٰذَا الَّذِي رُزِقْنَا مِنْ قَبْلُ ۖ وَ
أُتُوا بِهِ مُتَشَابِهًا ۖ وَلَهُمْ فِيهَا أَزْوَاجٌ مُطَهَّرَةٌ ۖ وَهُمْ
فِيهَا خَالِدُونَ ﴿٢٦﴾

28. kiuj rompis la aliancon kun Allah, post kiam estis interkonsentite pri ĝi, kaj detranĉis tion, kion Allah ordonis kunigi, kaj estigis malpacon sur la tero; ili estas la perdontoj.

29. Kial vi rifuzas kredi je Allah? Vi vere estis senvivaj kaj Li vivigis vin, poste Li lasis vin morti, poste Li revivigos vin kaj fine vi revenos al Li.

30. Li, kiu kreis por vi ĉion sur la tero kaj Sin poste turnis al la ĉielo kaj perfektigis sep ĉielojn; Li vere scias ĉion.

31. Kiam via Sinjoro diris al la anĝeloj: "Mi certe metos sur la teron anstataŭanton", ili diris: "Ĉu vi fakte volas meti sur ĝin iun, kiu estigas malpacon kaj verŝas sangon? Ni male laŭdegas Vin kaj gloras Vian sanktecon". Li tamen diris: "Vere Mi scias, kion vi ne scias".

32. Li instruis al Adam* ĉiujn nomojn, poste Li metis ilin antaŭ la anĝelojn kaj diris: "Eldiru al Mi tiujn nomojn, se vi estas sinceraj".

33. Ili respondis: "Ni gloras Vian sanktecon! Ni ne havas alian scion ol tiun, kiun Vi instruis al ni. Vere Vi estas ĉioscia, saĝa! ".

---

* Pri Adam la kredo Islama ne absolute asertas, ke li estis la unua homo sur la tero, sed nur la unua profeto, t.e. la unua homo al kiu estis donita revelacio kaj leĝo de Allah. Ĉirilate notu la verson 37an ĉi-sube, en kiu la dualon (Adam kaj edzino) sekvas pluralo je la ordono "Eliru ĉiuj". Satano en Islamo estas kolektiva nomo por esprimi la malbonajn pasiojn kaj la malbonajn konsilojn de kunuloj, kaj oni ne rigardas Satanon vere ekzistanta persona kreitaĵo kiel en la kristana kredo.

إِنَّ اللَّهَ لَا يَسْتَحْيِ أَنْ يَضْرِبَ مَثَلًا مَا بَعُوضَةً
فَمَا فَوْقَهَا ۚ فَأَمَّا الَّذِينَ آمَنُوا فَيَعْلَمُونَ أَنَّهُ الْحَقُّ مِنْ
رَبِّهِمْ ۖ وَأَمَّا الَّذِينَ كَفَرُوا فَيَقُولُونَ مَاذَا أَرَادَ اللَّهُ
بِهَٰذَا مَثَلًا ۘ يُضِلُّ بِهِ كَثِيرًا وَيَهْدِي بِهِ كَثِيرًا ۚ وَمَا
يُضِلُّ بِهِ إِلَّا الْفَاسِقِينَ ﴿٢٦﴾
الَّذِينَ يَنْقُضُونَ عَهْدَ اللَّهِ مِنْ بَعْدِ مِيثَاقِهِ وَ
يَقْطَعُونَ مَا أَمَرَ اللَّهُ بِهِ أَنْ يُوصَلَ وَيُفْسِدُونَ
فِي الْأَرْضِ ۚ أُولَٰئِكَ هُمُ الْخَاسِرُونَ ﴿٢٧﴾
كَيْفَ تَكْفُرُونَ بِاللَّهِ وَكُنْتُمْ أَمْوَاتًا فَأَحْيَاكُمْ ۖ ثُمَّ
يُمِيتُكُمْ ثُمَّ يُحْيِيكُمْ ثُمَّ إِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿٢٨﴾
هُوَ الَّذِي خَلَقَ لَكُمْ مَا فِي الْأَرْضِ جَمِيعًا ثُمَّ
اسْتَوَىٰ إِلَى السَّمَاءِ فَسَوَّاهُنَّ سَبْعَ سَمَاوَاتٍ ۚ وَهُوَ
بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمٌ ﴿٢٩﴾ ع
وَإِذْ قَالَ رَبُّكَ لِلْمَلَائِكَةِ إِنِّي جَاعِلٌ فِي الْأَرْضِ خَلِيفَةً ۖ
قَالُوا أَتَجْعَلُ فِيهَا مَنْ يُفْسِدُ فِيهَا وَيَسْفِكُ الدِّمَاءَ
وَنَحْنُ نُسَبِّحُ بِحَمْدِكَ وَنُقَدِّسُ لَكَ ۖ قَالَ إِنِّي أَعْلَمُ
مَا لَا تَعْلَمُونَ ﴿٣٠﴾
وَعَلَّمَ آدَمَ الْأَسْمَاءَ كُلَّهَا ثُمَّ عَرَضَهُمْ عَلَى الْمَلَائِكَةِ
فَقَالَ أَنْبِئُونِي بِأَسْمَاءِ هَٰؤُلَاءِ إِنْ كُنْتُمْ صَادِقِينَ ﴿٣١﴾
قَالُوا سُبْحَانَكَ لَا عِلْمَ لَنَا إِلَّا مَا عَلَّمْتَنَا ۖ إِنَّكَ أَنْتَ
الْعَلِيمُ الْحَكِيمُ ﴿٣٢﴾

34. Li diris: "Ho Adam, eldiru al ili iliajn nomojn", kaj kiam li eldiris iliajn nomojn, Li diris: "Ĉu Mi ne diris al vi? Mi vere konas la Nevideblaĵojn en la ĉielo kaj sur la tero kaj tion, kion vi malkaŝis kaj tion, kion vi kaŝis".

35. Kiam Ni diris al la anĝeloj: "Obeu Adamon! ", ili ĉiuj obeis escepte de Iblis. Li rifuzis, fieregiĝis kaj fariĝis unu el la miskredantoj.

36. Kaj Ni diris: "Ho Adam! Vivu kune kun via virino en la ĝardeno kaj manĝu ambaŭ abunde, kiam vi deziras, sed ne iru apud tiun arbon, por ke vi ne fariĝu pekantaj".

37. Satano tamen igis ilin ambaŭ stumbli kaj li forpelis ilin de tie, kie ili estis, kaj Ni diris: "Eliru ĉiuj, iuj el vi estos malamikaj de la aliaj kaj por vi estos sur la tero restadejo kaj provizaĵoj por kelke da tempo".

38. Poste Adam ricevis de sia Sinjoro la vortojn de la preĝo kaj Li turnis Sin denove kompateme al li. Li vere estas kompatema, pardonema.

39. Ni diris: "Eliru de ĉi tie, vi ĉiuj, kaj ĉiam, kiam venos de Mi gvidado por vi, por tiuj, kiuj sekvos la gvidadon, ne plu estos timo nek malgajeco.

40. Kaj la miskredantoj, kiuj rifuzas Niajn signojn, estos loĝantoj de la fajro kaj tie ili restos por ĉiam".

قَالَ يٰٓاٰدَمُ اَنْۢبِئْهُمْ بِاَسْمَآئِهِمْ ۚ فَلَمَّآ اَنْۢبَاَهُمْ بِاَسْمَآئِهِمْ
قَالَ اَلَمْ اَقُلْ لَّكُمْ اِنِّیْٓ اَعْلَمُ غَیْبَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ
وَاَعْلَمُ مَا تُبْدُوْنَ وَمَا كُنْتُمْ تَكْتُمُوْنَ ﴿۳۴﴾
وَاِذْ قُلْنَا لِلْمَلٰٓئِكَةِ اسْجُدُوْا لِاٰدَمَ فَسَجَدُوْٓا اِلَّآ اِبْلِیْسَ ؕ
اَبٰى وَاسْتَكْبَرَ ۫ وَكَانَ مِنَ الْكٰفِرِیْنَ ﴿۳۵﴾
وَقُلْنَا یٰٓاٰدَمُ اسْكُنْ اَنْتَ وَزَوْجُكَ الْجَنَّةَ وَكُلَا مِنْهَا
رَغَدًا حَیْثُ شِئْتُمَا ۪ وَلَا تَقْرَبَا هٰذِهِ الشَّجَرَةَ فَتَكُوْنَا
مِنَ الظّٰلِمِیْنَ ﴿۳۶﴾
فَاَزَلَّهُمَا الشَّیْطٰنُ عَنْهَا فَاَخْرَجَهُمَا مِمَّا كَانَا فِیْهِ ۪
وَقُلْنَا اهْبِطُوْا بَعْضُكُمْ لِبَعْضٍ عَدُوٌّ ۚ وَلَكُمْ فِی
الْاَرْضِ مُسْتَقَرٌّ وَّمَتَاعٌ اِلٰى حِیْنٍ ﴿۳۷﴾
فَتَلَقّٰٓى اٰدَمُ مِنْ رَّبِّهٖ كَلِمٰتٍ فَتَابَ عَلَیْهِ ؕ اِنَّهٗ هُوَ
التَّوَّابُ الرَّحِیْمُ ﴿۳۸﴾
قُلْنَا اهْبِطُوْا مِنْهَا جَمِیْعًا ۚ فَاِمَّا یَاْتِیَنَّكُمْ مِّنِّیْ هُدًى
فَمَنْ تَبِعَ هُدَایَ فَلَا خَوْفٌ عَلَیْهِمْ وَلَا هُمْ یَحْزَنُوْنَ ﴿۳۹﴾
وَالَّذِیْنَ كَفَرُوْا وَكَذَّبُوْا بِاٰیٰتِنَآ اُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ النَّارِ ۚ
هُمْ فِیْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿۴۰﴾ ع

41. Ho idoj de Izrael! Memoru la favorojn, kiujn Mi donis al vi. Plenumu la promeson, kiun vi faris al Mi, kaj Mi plenumos la promeson faritan al vi. Respektegu nur Min!

يَٰبَنِيٓ إِسۡرَٰٓءِيلَ ٱذۡكُرُواْ نِعۡمَتِيَ ٱلَّتِيٓ أَنۡعَمۡتُ عَلَيۡكُمۡ وَأَوۡفُواْ بِعَهۡدِيٓ أُوفِ بِعَهۡدِكُمۡ وَإِيَّٰيَ فَٱرۡهَبُونِ ﴿٤٠﴾

42. Kredu je tio, kion Mi sendis kiel plenumiĝon de tio, kio jam estis ĉe vi, kaj ne estu vi la unuaj miskredantoj kaj ne vendu Miajn signojn kontraŭ malgranda prezo. Nur ĉe Mi vi serĉu rifuĝon!

وَءَامِنُواْ بِمَآ أَنزَلۡتُ مُصَدِّقٗا لِّمَا مَعَكُمۡ وَلَا تَكُونُوٓاْ أَوَّلَ كَافِرِۭ بِهِۦۖ وَلَا تَشۡتَرُواْ بِـَٔايَٰتِي ثَمَنٗا قَلِيلٗا وَإِيَّٰيَ فَٱتَّقُونِ ﴿٤١﴾

43. Ne konfuzu la veron kun la falso kaj ne ruze kaŝu la veron, kvankam vi konas ĝin,

وَلَا تَلۡبِسُواْ ٱلۡحَقَّ بِٱلۡبَٰطِلِ وَتَكۡتُمُواْ ٱلۡحَقَّ وَأَنتُمۡ تَعۡلَمُونَ ﴿٤٢﴾

44. kaj levu la preĝon kaj donu almozojn kaj genufleksu kun la genufleksantoj.

وَأَقِيمُواْ ٱلصَّلَوٰةَ وَءَاتُواْ ٱلزَّكَوٰةَ وَٱرۡكَعُواْ مَعَ ٱلرَّٰكِعِينَ ﴿٤٣﴾

45. Ĉu vi ordonas la virton al la homoj kaj vi mem forgesas tion, kvankam vi predikas la Skribon*? Ĉu vi do ne volas kompreni?

أَتَأۡمُرُونَ ٱلنَّاسَ بِٱلۡبِرِّ وَتَنسَوۡنَ أَنفُسَكُمۡ وَأَنتُمۡ تَتۡلُونَ ٱلۡكِتَٰبَۚ أَفَلَا تَعۡقِلُونَ ﴿٤٤﴾

46. Serĉu helpon en pacienco kaj preĝo. Vere tio estas malfacila, krom por la humiluloj,

وَٱسۡتَعِينُواْ بِٱلصَّبۡرِ وَٱلصَّلَوٰةِۚ وَإِنَّهَا لَكَبِيرَةٌ إِلَّا عَلَى ٱلۡخَٰشِعِينَ ﴿٤٥﴾

47. kiuj certe scias, ke ili renkontos sian Sinjoron kaj al Li revenos.

ٱلَّذِينَ يَظُنُّونَ أَنَّهُم مُّلَٰقُواْ رَبِّهِمۡ وَأَنَّهُمۡ إِلَيۡهِ رَٰجِعُونَ ﴿٤٦﴾ ع

48. Ho idoj de Izrael! Memoru la favorojn, kiujn Mi donis al vi, kaj ke Mi altigis vin super ĉiuj nacioj!

يَٰبَنِيٓ إِسۡرَٰٓءِيلَ ٱذۡكُرُواْ نِعۡمَتِيَ ٱلَّتِيٓ أَنۡعَمۡتُ عَلَيۡكُمۡ وَأَنِّي فَضَّلۡتُكُمۡ عَلَى ٱلۡعَٰلَمِينَ ﴿٤٧﴾

49. Timu la tagon, en kiu neniu ricevos rekompencon destinitan al alia, kaj neniu propeto estos akceptita, kaj neniu elaĉeto estos ricevita, kaj neniu helpo estos por ili.

وَٱتَّقُواْ يَوۡمٗا لَّا تَجۡزِي نَفۡسٌ عَن نَّفۡسٖ شَيۡـٔٗا وَلَا يُقۡبَلُ مِنۡهَا شَفَٰعَةٞ وَلَا يُؤۡخَذُ مِنۡهَا عَدۡلٞ وَلَا هُمۡ يُنصَرُونَ ﴿٤٨﴾

---

* Skribo (kelkafoje ankaŭ Libro) signifas kutime la sanktajn librojn – nome la revelaciojn – kiuj estis senditaj al la homaro antaŭ la Korano. La frazo "popolo de la Skribo" (Ahlu-l-Kitāb) tamen signifas kutime Kristanojn kaj Judojn kune.

50. Memoru, kiam Ni liberigis vin de la popolo de Faraono, kiu suferigis vin per terura turmento. Ili estis buĉintaj viajn idojn kaj kaptintaj viajn virinojn. En tio estis granda elprovo de via Sinjoro.

51. Memoru, kiam Ni disigis la maron kaj dronigis la popolon de Faraono kaj vi rigardadis.

52. Memoru, kiam Ni donis al Moseo la promeson por kvardek noktoj; vi poste prenis al vi la bovidon kaj vi estis pekuloj.

53. Poste Ni pardonis al vi, por ke vi estu dankemaj.

54. Memoru kiam Ni donis al Moseo la Skribon kaj la ekkonigilon por ke vi estu gvidataj.

55. Memoru, kiam Moseo diris al sia popolo: "Ho mia popolo! Vere vi pekis kontraŭ vi mem, ĉar vi prenis al vi la bovidon. Turnu vin al via Kreinto kaj subpremu viajn malbonajn emojn; tio vere estas plej bona por vi antaŭ via Kreinto". Kaj Li turnis Sin al ili kompateme. Vere Li estas kompatema, pardonema.

56. Memoru kiam vi diris: "Ho Moseo! Ni tute ne kredos al vi, se ni ne vidos la vizaĝon de Allah". Tiam vi estis frapitaj de la fulmo dum via rigardado.

57. Poste Ni ekstarigis vin denove el la morto, por ke vi estu dankemaj.

58. Ni ombrigis vin per nuboj kaj sendis al vi la manaon kaj la koturnojn: "Manĝu la bonajn aĵojn, kiujn Ni donis al vi! ". Kaj ili ne domaĝis Nin sed sin mem.

59. Memoru, kiam Ni diris: "Eniru tiun urbon kaj manĝu abunde tiujn aĵojn, kiam ajn vi deziras, kaj eniru la pordon humile kaj diru: "Kompaton! " kaj Ni par-

وَإِذْ نَجَّيْنَٰكُم مِّنْ ءَالِ فِرْعَوْنَ يَسُومُونَكُمْ سُوٓءَ ٱلْعَذَابِ
يُذَبِّحُونَ أَبْنَآءَكُمْ وَيَسْتَحْيُونَ نِسَآءَكُمْ ۚ وَفِى ذَٰلِكُم
بَلَآءٌ مِّن رَّبِّكُمْ عَظِيمٌ ﴿٤٩﴾
وَإِذْ فَرَقْنَا بِكُمُ ٱلْبَحْرَ فَأَنجَيْنَٰكُمْ وَأَغْرَقْنَآ ءَالَ فِرْعَوْنَ
وَأَنتُمْ تَنظُرُونَ ﴿٥٠﴾
وَإِذْ وَٰعَدْنَا مُوسَىٰٓ أَرْبَعِينَ لَيْلَةً ثُمَّ ٱتَّخَذْتُمُ ٱلْعِجْلَ
مِنۢ بَعْدِهِۦ وَأَنتُمْ ظَٰلِمُونَ ﴿٥١﴾
ثُمَّ عَفَوْنَا عَنكُم مِّنۢ بَعْدِ ذَٰلِكَ لَعَلَّكُمْ تَشْكُرُونَ ﴿٥٢﴾
وَإِذْ ءَاتَيْنَا مُوسَى ٱلْكِتَٰبَ وَٱلْفُرْقَانَ لَعَلَّكُمْ تَهْتَدُونَ ﴿٥٣﴾
وَإِذْ قَالَ مُوسَىٰ لِقَوْمِهِۦ يَٰقَوْمِ إِنَّكُمْ ظَلَمْتُمْ أَنفُسَكُم
بِٱتِّخَاذِكُمُ ٱلْعِجْلَ فَتُوبُوٓا۟ إِلَىٰ بَارِئِكُمْ فَٱقْتُلُوٓا۟ أَنفُسَكُمْ
ذَٰلِكُمْ خَيْرٌ لَّكُمْ عِندَ بَارِئِكُمْ فَتَابَ عَلَيْكُمْ ۚ إِنَّهُۥ هُوَ
ٱلتَّوَّابُ ٱلرَّحِيمُ ﴿٥٤﴾
وَإِذْ قُلْتُمْ يَٰمُوسَىٰ لَن نُّؤْمِنَ لَكَ حَتَّىٰ نَرَى ٱللَّهَ جَهْرَةً
فَأَخَذَتْكُمُ ٱلصَّٰعِقَةُ وَأَنتُمْ تَنظُرُونَ ﴿٥٥﴾
ثُمَّ بَعَثْنَٰكُم مِّنۢ بَعْدِ مَوْتِكُمْ لَعَلَّكُمْ تَشْكُرُونَ ﴿٥٦﴾
وَظَلَّلْنَا عَلَيْكُمُ ٱلْغَمَامَ وَأَنزَلْنَا عَلَيْكُمُ ٱلْمَنَّ وَ
ٱلسَّلْوَىٰ ۖ كُلُوا۟ مِن طَيِّبَٰتِ مَا رَزَقْنَٰكُمْ ۖ وَمَا ظَلَمُونَا وَ
لَٰكِن كَانُوٓا۟ أَنفُسَهُمْ يَظْلِمُونَ ﴿٥٧﴾
وَإِذْ قُلْنَا ٱدْخُلُوا۟ هَٰذِهِ ٱلْقَرْيَةَ فَكُلُوا۟ مِنْهَا حَيْثُ شِئْتُمْ
رَغَدًا وَٱدْخُلُوا۟ ٱلْبَابَ سُجَّدًا وَقُولُوا۟ حِطَّةٌ نَّغْفِرْ لَكُمْ
خَطَٰيَٰكُمْ ۚ وَسَنَزِيدُ ٱلْمُحْسِنِينَ ﴿٥٨﴾

donos al vi viajn pekojn kaj Ni honoros la bonfarantojn".

فَبَدَّلَ الَّذِينَ ظَلَمُوا قَوْلًا غَيْرَ الَّذِي قِيلَ لَهُمْ
فَأَنْزَلْنَا عَلَى الَّذِينَ ظَلَمُوا رِجْزًا مِنَ السَّمَاءِ بِمَا
كَانُوا يَفْسُقُونَ ﴿٥٩﴾ ع

60. La malbonfarantoj ŝanĝis la vorton, kiu estis dirita al ili, kun alia kaj Ni sendis kontraŭ ilin la punon el la ĉielo, ĉar ili estis malobeemaj.

وَإِذِ اسْتَسْقَىٰ مُوسَىٰ لِقَوْمِهِ فَقُلْنَا اضْرِبْ بِعَصَاكَ
الْحَجَرَ ۖ فَانْفَجَرَتْ مِنْهُ اثْنَتَا عَشْرَةَ عَيْنًا ۖ قَدْ
عَلِمَ كُلُّ أُنَاسٍ مَشْرَبَهُمْ ۖ كُلُوا وَاشْرَبُوا مِنْ رِزْقِ
اللَّهِ وَلَا تَعْثَوْا فِي الْأَرْضِ مُفْسِدِينَ ﴿٦٠﴾

61. Memoru, kiam Moseo petis trinkaĵon por sia popolo kaj Ni diris: "Frapu la ŝtonon per via vergo" kaj el ĝi elfluis dekdu fontoj. Ĉiuj triboj sciis tiam, kie estas iliaj trinkejoj: "Manĝu kaj trinku la donacojn de Allah kaj ne fariĝu krimuloj sur la tero, estigante malpacon".

وَإِذْ قُلْتُمْ يَا مُوسَىٰ لَنْ نَصْبِرَ عَلَىٰ طَعَامٍ وَاحِدٍ فَادْعُ
لَنَا رَبَّكَ يُخْرِجْ لَنَا مِمَّا تُنْبِتُ الْأَرْضُ مِنْ بَقْلِهَا وَ
قِثَّائِهَا وَفُومِهَا وَعَدَسِهَا وَبَصَلِهَا ۖ قَالَ أَتَسْتَبْدِلُونَ
الَّذِي هُوَ أَدْنَىٰ بِالَّذِي هُوَ خَيْرٌ ۚ اهْبِطُوا مِصْرًا فَإِنَّ
لَكُمْ مَا سَأَلْتُمْ ۗ وَضُرِبَتْ عَلَيْهِمُ الذِّلَّةُ وَالْمَسْكَنَةُ
وَبَاءُوا بِغَضَبٍ مِنَ اللَّهِ ۗ ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمْ كَانُوا يَكْفُرُونَ
بِآيَاتِ اللَّهِ وَيَقْتُلُونَ النَّبِيِّينَ بِغَيْرِ الْحَقِّ ۗ ذَٰلِكَ بِمَا
عَصَوْا وَكَانُوا يَعْتَدُونَ ﴿٦١﴾ ع

62. Memoru, kiam vi diris: "Ho Moseo! Ni neniam estos kontentaj per unukvalita manĝaĵo. Petu do vian Sinjoron, ke Li sendu tion, kion kreskigas la tero, ĝiajn vegetaĵojn kaj melonojn kaj grenon kaj lentojn kaj bulbojn". Li diris: "Ĉu vi volas aĉeti tion, kio estas malpli valora, kontraŭ tio, kio estas plej bona? Eliru do al iu ajn urbo kaj tie vi trovos, kion vi petas". Kaj tiam super ilin venis humiliĝo kaj honto kaj la kolero de Allah. Tio okazis, ĉar ili ne volis kredi je la signoj de Allah, kaj ili mortigis la profetojn kontraŭirante la rajton, kaj malobeis, kaj pekis.

إِنَّ الَّذِينَ آمَنُوا وَالَّذِينَ هَادُوا وَالنَّصَارَىٰ وَ
الصَّابِئِينَ مَنْ آمَنَ بِاللَّهِ وَالْيَوْمِ الْآخِرِ وَعَمِلَ
صَالِحًا فَلَهُمْ أَجْرُهُمْ عِنْدَ رَبِّهِمْ وَلَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ
وَلَا هُمْ يَحْزَنُونَ ﴿٦٢﴾

63. Vere, por la kredantoj, kaj por la Judoj kaj por la Kristanoj kaj por la Sabeoj*, do por tiuj, kiuj kredas je Allah kaj al la Tago de la Juĝo, kaj agas bone, estos la rekompenco de ilia Sinjoro kaj por ili ne plu estos timo nek malgajeco.

وَإِذْ أَخَذْنَا مِيثَاقَكُمْ وَرَفَعْنَا فَوْقَكُمُ الطُّورَ خُذُوا
مَا آتَيْنَاكُمْ بِقُوَّةٍ وَاذْكُرُوا مَا فِيهِ لَعَلَّكُمْ تَتَّقُونَ ﴿٦٣﴾

64. Memoru, kiam Ni faris aliancon kun vi kaj Ni estigis monton super vi: "Prenu forte tion, kion Ni donis al vi, kaj memoru tion, kio estas en ĝi, por ke vi estu ŝirmataj".

* Popolo kies kredo similis al tiu de la Judoj kaj de la Kristanoj. Ne konfuzu kun la Ŝebaanoj.

65. Poste vi deflankiĝis de tiu alianco kaj, se ne estus la favoro kaj la kompato de Allah, vi estus pereintaj.

66. Vi certe scias, kiuj el vi pekis kontraŭ la devo de la sabato. Ni diris al ili: "Vi estu simioj forpelindaj! ".

67. Ni faris tion ekzemplo por la ĉeestantoj kaj por la sekvontaj generacioj kaj lernilo por la justuloj.

68. Memoru, kiam Moseo diris al sia popolo: "Vere Allah ordonas al vi oferi bovinon". Ili respondis: "Ĉu vi mokas nin? ". Li tamen respondis: "Mi serĉas rifuĝon ĉe Allah kontraŭ la stulteco! ".

69. Ili diris: "Petu vian Sinjoron, ke Li klarigu al ni, kiun bovinon Li intencas". Li diris: "Vere Li diras, ke tiu bovino ne estas juna nek maljuna sed plenkreska, inter la du ekstremoj. Faru, kiel estas ordonite al vi! ".

70. Ili diris: "Petu vian Sinjoron, ke Li klarigu al ni, kia estas ĝia koloro". Li diris: "Vere Li diras, ke tiu bovino estas flava, purkolora, plezuro por la rigardantoj".

71. Ili diris: "Petu vian Sinjoron, ke Li klarigu al ni, kiu bovino tiu estas; vere ĉiuj bovinoj estas por ni egalaj, kaj se Allah volas, ni estos gvidataj".

72. Li diris: "Vere Li diras, ke tiu bovino ne estas alkutimiĝinta fari la laborojn de la tero kaj plugi kaj alporti akvon por la kamparo, ĝi estas senmanka, unukolora". Ili tiam diris: "Nun vi atingis la veron" kaj ili oferis ĝin, kvankam ili ne emis fari tion.

ثُمَّ تَوَلَّيْتُم مِّن بَعْدِ ذَٰلِكَ ۖ فَلَوْلَا فَضْلُ اللَّهِ عَلَيْكُمْ وَرَحْمَتُهُ لَكُنتُم مِّنَ الْخَاسِرِينَ ﴿٦٥﴾

وَلَقَدْ عَلِمْتُمُ الَّذِينَ اعْتَدَوْا مِنكُمْ فِي السَّبْتِ فَقُلْنَا لَهُمْ كُونُوا قِرَدَةً خَاسِئِينَ ﴿٦٦﴾

فَجَعَلْنَاهَا نَكَالًا لِّمَا بَيْنَ يَدَيْهَا وَمَا خَلْفَهَا وَمَوْعِظَةً لِّلْمُتَّقِينَ ﴿٦٧﴾

وَإِذْ قَالَ مُوسَىٰ لِقَوْمِهِ إِنَّ اللَّهَ يَأْمُرُكُمْ أَن تَذْبَحُوا بَقَرَةً ۖ قَالُوا أَتَتَّخِذُنَا هُزُوًا ۖ قَالَ أَعُوذُ بِاللَّهِ أَنْ أَكُونَ مِنَ الْجَاهِلِينَ ﴿٦٨﴾

قَالُوا ادْعُ لَنَا رَبَّكَ يُبَيِّن لَّنَا مَا هِيَ ۚ قَالَ إِنَّهُ يَقُولُ إِنَّهَا بَقَرَةٌ لَّا فَارِضٌ وَلَا بِكْرٌ عَوَانٌ بَيْنَ ذَٰلِكَ ۖ فَافْعَلُوا مَا تُؤْمَرُونَ ﴿٦٩﴾

قَالُوا ادْعُ لَنَا رَبَّكَ يُبَيِّن لَّنَا مَا لَوْنُهَا ۚ قَالَ إِنَّهُ يَقُولُ إِنَّهَا بَقَرَةٌ صَفْرَاءُ فَاقِعٌ لَّوْنُهَا تَسُرُّ النَّاظِرِينَ ﴿٧٠﴾

قَالُوا ادْعُ لَنَا رَبَّكَ يُبَيِّن لَّنَا مَا هِيَ إِنَّ الْبَقَرَ تَشَابَهَ عَلَيْنَا وَإِنَّا إِن شَاءَ اللَّهُ لَمُهْتَدُونَ ﴿٧١﴾

قَالَ إِنَّهُ يَقُولُ إِنَّهَا بَقَرَةٌ لَّا ذَلُولٌ تُثِيرُ الْأَرْضَ وَلَا تَسْقِي الْحَرْثَ مُسَلَّمَةٌ لَّا شِيَةَ فِيهَا ۚ قَالُوا الْآنَ جِئْتَ بِالْحَقِّ ۚ فَذَبَحُوهَا وَمَا كَادُوا يَفْعَلُونَ ﴿٧٢﴾

73. Memoru, kiam vi mortigis homon kaj poste malkonsentis pri tiu ago kaj Allah malkaŝis tion, kion vi estis kaŝintaj.

74. Kaj Ni diris: "Frapu lin per iom de ĝi*". Tiel Allah revivigas la mortintojn kaj Li montras Siajn signojn, por ke vi komprenu.

75. Poste malmoliĝis viaj koroj, ĝis ili fariĝis kvazaŭ ŝtonoj kaj eĉ pli malmolaj. Vere inter la ŝtonoj estas iuj, el kiuj elfluas riveroj, kaj aliaj, el kiuj, kiam ili disfendiĝas, akvo elfluas, kaj aliaj, kiuj humiliĝas pro la amo al Allah. Allah ne ignoras, kion vi faras.

76. Ĉu vi esperas, ke ili estos fidelaj al vi? Certe iuj el ili aŭdas la vortojn de Allah, poste tordas ilin, kvankam ili komprenis kaj kvankam ili sciis.

---

* Ekzistas pluraj interpretoj de ĉi tiu frazo. La plej ofte akceptataj estas la sekvantaj: 1) Punu lin (la incitinton de la murdo de la verso 73a) per parto de la ofendo (farita al la murdito). Laŭ tiu interpreto temas pri grava okazintaĵo de la dua Hiĝra jaro. Islamano estis murdita de grupo de Judoj kaj la ordono estas nun: mortigu lin. Tiu puno tamen estus nur kontraŭ parto de la ofendo, ĉar murdo ne povas esti repagita tute en ĉi tiu vivo. Plua puno atendas la ofendinton en la vivo venonta. 2) Trafu lin (Jesuon) per parto de morto (t.e. per ŝajna morto). Tiu interpreto rilatas al la kredo Islama, laŭ kiu Jesuo Kristo ne mortis fakte per la kruco – ĉar tiu morto hontiga ne povas esti akceptita por nobla Profeto kia estis Jesuo – sed vekiĝis poste de ŝajna-morto. Laŭ tiu senco ankaŭ la antaŭa verso aludus la mortigon de Jesuo, provitan de Judoj. 3) Trafu lin (la murditon) per parto de ĝi (de la buĉita bovino – vidu versojn 68 ĝis 72). Per tio oni volas esprimi, keDio ordonis al la popolo reveki la mortinton por mallonga tempo por ke li povu akuzi sian murdinton. Tio estis miraklo por montri ke la graco de Dio ebligis bonan rezulton de faro, kiun la Judoj estis plenumintaj malvolonte (vidu ankaŭ: "La Sankta Biblio" – Readmono, 21:1-9).

وَإِذْ قَتَلْتُمْ نَفْسًا فَادَّارَأْتُمْ فِيهَا ۖ وَاللَّهُ مُخْرِجٌ مَّا
كُنتُمْ تَكْتُمُونَ ﴿٧٢﴾
فَقُلْنَا اضْرِبُوهُ بِبَعْضِهَا ۚ كَذَٰلِكَ يُحْيِي اللَّهُ الْمَوْتَىٰ
وَيُرِيكُمْ آيَاتِهِ لَعَلَّكُمْ تَعْقِلُونَ ﴿٧٣﴾
ثُمَّ قَسَتْ قُلُوبُكُم مِّن بَعْدِ ذَٰلِكَ فَهِيَ كَالْحِجَارَةِ
أَوْ أَشَدُّ قَسْوَةً ۚ وَإِنَّ مِنَ الْحِجَارَةِ لَمَا يَتَفَجَّرُ مِنْهُ
الْأَنْهَارُ ۚ وَإِنَّ مِنْهَا لَمَا يَشَّقَّقُ فَيَخْرُجُ مِنْهُ الْمَاءُ ۚ
وَإِنَّ مِنْهَا لَمَا يَهْبِطُ مِنْ خَشْيَةِ اللَّهِ ۗ وَمَا اللَّهُ
بِغَافِلٍ عَمَّا تَعْمَلُونَ ﴿٧٤﴾
أَفَتَطْمَعُونَ أَن يُؤْمِنُوا لَكُمْ وَقَدْ كَانَ فَرِيقٌ مِّنْهُمْ
يَسْمَعُونَ كَلَامَ اللَّهِ ثُمَّ يُحَرِّفُونَهُ مِن بَعْدِ مَا عَقَلُوهُ
وَهُمْ يَعْلَمُونَ ﴿٧٥﴾

77. Kiam ili renkontas la kredantojn, ili diras: "Ni kredas" kaj, kiam ili kaŝe kunvenas inter si mem, ili diras: "Ĉu vi volas malkaŝi al ili, kion Allah malkaŝis al vi, por ke ili disputu pri tio kun vi antaŭ via Sinjoro? ". Ĉu vi do ne volas kompreni?

وَإِذَا لَقُوا الَّذِينَ آمَنُوا قَالُوا آمَنَّا وَإِذَا خَلَا بَعْضُهُمْ
إِلَىٰ بَعْضٍ قَالُوا أَتُحَدِّثُونَهُم بِمَا فَتَحَ اللَّهُ عَلَيْكُمْ
لِيُحَاجُّوكُم بِهِ عِندَ رَبِّكُمْ ۚ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ﴿٧٦﴾

78. Ĉu vi ne scias, ke Allah scias ĉion, kion vi kaŝas kaj kion vi faras malkaŝe?

أَوَلَا يَعْلَمُونَ أَنَّ اللَّهَ يَعْلَمُ مَا يُسِرُّونَ وَمَا يُعْلِنُونَ ﴿٧٧﴾

79. Inter ili estas malkleruloj, kiuj ne konas la Libron alie ol per onidiroj. Ili nur divenas.

وَمِنْهُمْ أُمِّيُّونَ لَا يَعْلَمُونَ الْكِتَابَ إِلَّا أَمَانِيَّ وَإِنْ هُمْ
إِلَّا يَظُنُّونَ ﴿٧٨﴾

80. Ve al tiuj, kiuj skribas la Libron per siaj manoj, kaj poste asertas, ke ĝi venas de Allah por vendi ĝin kontraŭ malalta prezo! Ve al ili pro tio, kion ili skribis per siaj manoj, kaj ve al ili pro tio, kion ili pernegocis!

فَوَيْلٌ لِّلَّذِينَ يَكْتُبُونَ الْكِتَابَ بِأَيْدِيهِمْ ثُمَّ يَقُولُونَ
هَٰذَا مِنْ عِندِ اللَّهِ لِيَشْتَرُوا بِهِ ثَمَنًا قَلِيلًا ۖ فَوَيْلٌ
لَّهُم مِّمَّا كَتَبَتْ أَيْدِيهِمْ وَوَيْلٌ لَّهُم مِّمَّا يَكْسِبُونَ ﴿٧٩﴾

81. Ili diras: "La fajro ne tuŝos nin krom dum malmultaj tagoj". Diru: "Ĉu vi ricevis de Allah promeson? Tiukaze certe Li ne rompos Sian promeson. Sed ĉu ne estas male tiel, ke vi parolas pri Allah, kion vi ne scias? ".

وَقَالُوا لَن تَمَسَّنَا النَّارُ إِلَّا أَيَّامًا مَّعْدُودَةً ۚ قُلْ
أَتَّخَذْتُمْ عِندَ اللَّهِ عَهْدًا فَلَن يُخْلِفَ اللَّهُ عَهْدَهُ ۖ
أَمْ تَقُولُونَ عَلَى اللَّهِ مَا لَا تَعْلَمُونَ ﴿٨٠﴾

82. Jen! Tiuj, kiuj agas malbone kaj estas implikitaj en siaj pekoj, estos loĝantoj de la fajro kaj tie ili restos por ĉiam,

بَلَىٰ مَن كَسَبَ سَيِّئَةً وَأَحَاطَتْ بِهِ خَطِيئَتُهُ فَأُولَٰئِكَ
أَصْحَابُ النَّارِ ۖ هُمْ فِيهَا خَالِدُونَ ﴿٨١﴾

83. kaj tiuj, kiuj kredas kaj agas bone, estos loĝantoj de la Paradizo kaj tie ili restos por ĉiam,

وَالَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ أُولَٰئِكَ أَصْحَابُ الْجَنَّةِ ۖ
هُمْ فِيهَا خَالِدُونَ ﴿٨٢﴾

84. Memoru, kiam Ni faris aliancon kun la idoj de Izrael: "Ne adoru iun alian ol Allahon, kaj estu afablaj al viaj gepatroj kaj al la parencoj kaj al la orfoj kaj al la malriĉuloj, kaj diru al la homoj bonajn vortojn, kaj levu la preĝon, kaj donu almozojn". Poste vi turnis vin for, krom malmultaj el vi, kaj vi foriris.

وَإِذْ أَخَذْنَا مِيثَاقَ بَنِي إِسْرَائِيلَ لَا تَعْبُدُونَ إِلَّا
اللَّهَ وَبِالْوَالِدَيْنِ إِحْسَانًا وَذِي الْقُرْبَىٰ وَالْيَتَامَىٰ
وَالْمَسَاكِينِ وَقُولُوا لِلنَّاسِ حُسْنًا وَأَقِيمُوا الصَّلَاةَ
وَآتُوا الزَّكَاةَ ثُمَّ تَوَلَّيْتُمْ إِلَّا قَلِيلًا مِّنكُمْ وَأَنتُم
مُّعْرِضُونَ ﴿٨٣﴾

85. Memoru, kiam Ni faris aliancon kun vi: "Ne verŝu sangon kaj ne forpelu iujn el vi el la domoj". Kaj vi certigis kaj atestis tion.

وإذ أخذنا ميثاقكم لا تسفكون دماءكم ولا
تخرجون أنفسكم من دياركم ثم أقررتم وأنتم
تشهدون ﴿٨٤﴾

86. Tamen vi estas tiaj, ke vi mortigas unu la alian kaj forpelas iujn el vi el la domoj, konkurante unu kun la alia je peko kaj ofendo kaj, kiam ili venas al vi kiel malliberuloj, vi elaĉetas ilin, kvankam jam antaŭe estis malpermesite forpeli ilin. Ĉu vi kredas nur al unu parto de la Libro kaj nekredas al la alia? Ne estos rekompenco por tiuj el vi, kiuj nenion plenumas krom hontindaĵoj en ĉi tiu vivo, kaj en la tago de la reviviĝo ili estos senditaj al plej grava turmento. Allah ne ignoras, kion vi faras.

ثم أنتم هؤلاء تقتلون أنفسكم وتخرجون فريقا
منكم من ديارهم تظهرون عليهم بالإثم
والعدوان وإن يأتوكم أسرى تفدوهم وهو
محرم عليكم إخراجهم أفتؤمنون ببعض
الكتب وتكفرون ببعض فما جزاء من يفعل
ذلك منكم إلا خزي في الحيوة الدنيا ويوم القيمة
يردون إلى أشد العذاب وما الله بغافل عما
تعملون ﴿٨٥﴾

87. Estas ili tiuj, kiuj aĉetis la vivon ĉi tiean kontraŭ la vivo venonta. Ilia puno neniam malpliiĝos kaj por ili ne estos helpo.

أولئك الذين اشتروا الحيوة الدنيا بالآخرة فلا
ع يخفف عنهم العذاب ولا هم ينصرون ﴿٨٦﴾

88. Ni vere donis al Moseo la Libron kaj poste Ni igis senditojn sekvi lin kaj Ni donis al Jesuo, la filo de Maria, signojn evidentajn, kaj Ni fortigis lin per la spirito de sankteco. Ĉu vi volas esti ribelemaj, ĉiufoje kiam venas al vi senditoj? Ĉu vi volas rifuzi iujn el ili kaj mortigi aliajn?

89. Ili diris: "Niaj koroj estas implikitaj". Jen! Allah malbenis ilin pro ilia nekredemo. Tre malmulte ili kredas.

90. Kiam venis al ili la Libro de Allah kiel plenumiĝo de tio, kio jam antaŭe estis ĉe ili – kaj ili estis petintaj venkon kontraŭ la miskredantoj – kaj kiam venis al ili aĵo konata, ili rifuzis ĝin. La malbeno de Allah sur la miskredantojn!

ولقد آتينا موسى الكتب وقفينا من بعده بالرسل
وآتينا عيسى ابن مريم البينت وأيدنه بروح القدس
أفكلما جاءكم رسول بما لا تهوى أنفسكم استكبرتم
ففريقا كذبتم وفريقا تقتلون ﴿٨٧﴾
وقالوا قلوبنا غلف بل لعنهم الله بكفرهم فقليلا
ما يؤمنون ﴿٨٨﴾

91. Malbona estas tio, kontraŭ kio ili vendas siajn animojn, nome ke ili ne kredas je tio, kion Allah sendis, pro envio, ĉar Allah sendis Sian favoron al tiuj el Siaj servantoj, kiujn Li mem elektis. Ili amasigas koleron super koleron. Por la miskredantoj estos hontiga puno.

ولما جاءهم كتب من عند الله مصدق لما معهم
وكانوا من قبل يستفتحون على الذين كفروا
فلما جاءهم ما عرفوا كفروا به فلعنة الله على
الكفرين ٨٩

92. Kiam estas dirite al ili: ”Kredu je tio, kio estis revelaciita de Allah” ili diras: ”Ni kredas je tio, kio estas sendita al ni” kaj ili ne kredas je tio, kio venis post ĝi, kvankam tio estas la vero kaj la plenumiĝo de tio, kio jam estis ĉe ili. Diru: ”Kial vi mortigis la profetojn de Allah antaŭe, se vi estis kredantoj? ”.

بئسما اشتروا به أنفسهم أن يكفروا بما أنزل الله
بغيا أن ينزل الله من فضله على من يشاء من
عباده فباءو بغضب على غضب وللكفرين عذاب
مهين ٩٠

93. Vere Moseo venis al vi kun signoj evidentaj kaj poste vi tamen prenis al vi la bovidon kaj estis pekuloj.

وإذا قيل لهم آمنوا بما أنزل الله قالوا نؤمن بما
أنزل علينا ويكفرون بما وراءه وهو الحق
مصدقا لما معهم قل فلم تقتلون أنبياء الله
من قبل إن كنتم مؤمنين ٩١

94. Kiam Ni faris aliancon kun vi kaj Ni estigis monton super vi: ”Tenu forte, kion Ni donis al vi, kaj aŭskultu! ” ili diris: ”Ni aŭdas sed ni malobeas”. Iliaj koroj estis sorbintaj la amon al la bovido pro ilia miskredemo. Diru: ”Malbona estas tio, kion al vi ordonas via kredo, se vi tute je io ajn kredas”.

ولقد جاءكم موسى بالبينت ثم اتخذتم العجل
من بعده وأنتم ظلمون ٩٢

95. Diru: ”Se la loĝejo en la vivo venonta estos nur por vi, escepte de la aliaj homoj, tiam vi sopiru la morton, se vi estas sinceraj”.

وإذ أخذنا ميثاقكم ورفعنا فوقكم الطور خذوا
ما آتينكم بقوة واسمعوا قالوا سمعنا وعصينا
وأشربوا في قلوبهم العجل بكفرهم قل بئسما
يأمركم به إيمانكم إن كنتم مؤمنين ٩٣

96. Neniam ili ĝin sopiros, pro tio, kion faris iliaj manoj. Allah konas la malbonfarantojn.

قل إن كانت لكم الدار الآخرة عند الله خالصة من
دون الناس فتمنوا الموت إن كنتم صدقين ٩٤

97. Vi trovos ilin eĉ pli avidaj je vivo, inter la homoj, ol la idolanoj mem. Ĉiu el ili deziras, ke al li estu konsentitaj mil jaroj. Tamen eĉ tio ne sufiĉus por savi ilin de la puno. Allah vidas, kion ili faras.

ولن يتمنوه أبدا بما قدمت أيديهم والله
عليم بالظلمين ٩٥

98. Diru: "Kiu estas malamiko de Gabrielo – vere li mem sendis tion en viajn korojn laŭ la permeso de Allah kiel plenumiĝon de tio, kio jam estis ĉe Li kaj kiel gvidilon kaj kiel bonan novaĵon por la justuloj –

99. kiu estas malamiko de Allah kaj de Liaj anĝeloj kaj de Gabrielo kaj de Miĥaelo, vere Allah mem estas malamiko de la miskredantoj.

100. Vere Ni sendis al vi signojn evidentajn kaj neniu rifuzis ilin krom la malobeemuloj.

101. Ĉu iuj el ili ĉiam rifuzis la aliancon, post kiam ĝi estis farita? Jen! La plejmultaj el ili ne kredas!

102. Kiam venis al ili sendito de Allah kiel plenumiĝo de tio, kio jam estis ĉe ili, iuj el tiuj, al kiuj la Skribo estis donita, ĵetis tiun Libron de Allah post siajn dorsojn, kvazaŭ ili ne estus sciintaj.

103. Kaj ili sekvis tion, kion la delogistoj jam preferis sub la regno de Salomono. Salomono mem ne estis miskredanto, sed la delogistoj estis, kaj ili instruis al la popolo la magion. Kaj ili ankaŭ sekvis tion, kion sendis la du anĝeloj el Babilono Hārūt kaj Mārūt. Tiuj tamen ne instruis iun ajn, krom dirante: "Vere ni ambaŭ estas nur elprovo, do ne rifuzu nin". Poste ili lernis de ambaŭ tion, kio disigis la viron de lia virino. Ili tamen ne malbonfaris al iu ajn krom laŭ la permeso de Allah. Male ili lernis tion, kio malbonfaras kaj neutilas. Vere ili lernis, ke la komercantoj de tiuj aĵoj ne partoprenos en la vivo venonta. Malbone estas fordoni siajn animojn! Ho, se ili estus sciintaj!

104. Ho se ili estus kredintaj kaj agintaj juste! Tiam la rekompenco de Allah estus plej granda. Ho se ili estus sciintaj!

وَلَتَجِدَنَّهُمْ أَحْرَصَ النَّاسِ عَلَىٰ حَيَاةٍ ۚ وَمِنَ الَّذِينَ
أَشْرَكُوا ۚ يَوَدُّ أَحَدُهُمْ لَوْ يُعَمَّرُ أَلْفَ سَنَةٍ وَمَا هُوَ
بِمُزَحْزِحِهِ مِنَ الْعَذَابِ أَنْ يُعَمَّرَ ۗ وَاللَّهُ بَصِيرٌ
بِمَا يَعْمَلُونَ ﴿٩٦﴾
قُلْ مَنْ كَانَ عَدُوًّا لِجِبْرِيلَ فَإِنَّهُ نَزَّلَهُ عَلَىٰ قَلْبِكَ
بِإِذْنِ اللَّهِ مُصَدِّقًا لِمَا بَيْنَ يَدَيْهِ وَهُدًى وَبُشْرَىٰ
لِلْمُؤْمِنِينَ ﴿٩٧﴾
مَنْ كَانَ عَدُوًّا لِلَّهِ وَمَلَائِكَتِهِ وَرُسُلِهِ وَجِبْرِيلَ
وَمِيكَالَ فَإِنَّ اللَّهَ عَدُوٌّ لِلْكَافِرِينَ ﴿٩٨﴾
وَلَقَدْ أَنْزَلْنَا إِلَيْكَ آيَاتٍ بَيِّنَاتٍ ۖ وَمَا يَكْفُرُ بِهَا إِلَّا
الْفَاسِقُونَ ﴿٩٩﴾
أَوَكُلَّمَا عَاهَدُوا عَهْدًا نَبَذَهُ فَرِيقٌ مِنْهُمْ ۚ بَلْ
أَكْثَرُهُمْ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿١٠٠﴾
وَلَمَّا جَاءَهُمْ رَسُولٌ مِنْ عِنْدِ اللَّهِ مُصَدِّقٌ لِمَا
مَعَهُمْ نَبَذَ فَرِيقٌ مِنَ الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَابَ ۙ كِتَابَ
اللَّهِ وَرَاءَ ظُهُورِهِمْ كَأَنَّهُمْ لَا يَعْلَمُونَ ﴿١٠١﴾
وَاتَّبَعُوا مَا تَتْلُو الشَّيَاطِينُ عَلَىٰ مُلْكِ سُلَيْمَانَ ۖ وَ
مَا كَفَرَ سُلَيْمَانُ وَلَٰكِنَّ الشَّيَاطِينَ كَفَرُوا يُعَلِّمُونَ
النَّاسَ السِّحْرَ وَمَا أُنْزِلَ عَلَى الْمَلَكَيْنِ بِبَابِلَ
هَارُوتَ وَمَارُوتَ ۚ وَمَا يُعَلِّمَانِ مِنْ أَحَدٍ حَتَّىٰ
يَقُولَا إِنَّمَا نَحْنُ فِتْنَةٌ فَلَا تَكْفُرْ ۖ فَيَتَعَلَّمُونَ مِنْهُمَا
مَا يُفَرِّقُونَ بِهِ بَيْنَ الْمَرْءِ وَزَوْجِهِ ۚ وَمَا هُمْ بِضَارِّينَ

105. Ho kredantoj! Ne diru "Ra'enā" sed "Unzurnā"* kaj aŭskultu: por la miskredantoj estos dolora puno.

106. La miskredantoj el la popolo de la Skribo, kaj la idolanoj, ne deziras, ke estu sendita al vi io bona de via Sinjoro, sed Allah elektas per Sia graco, kiun Li volas, kaj Allah estas la fonto de granda graco.

107. Ni ne nuligas verson aŭ forgesigas ĝin, antaŭ ol Ni donas alian pli valoran aŭ almenaŭ similan. Ĉu vi ne scias, ke Allah havas povon super ĉiuj aferoj?

108. Ĉu vi ne scias, ke Allah posedas la suverenecon de la ĉieloj kaj de la tero? Krom Allah ne estas por vi protektanto nek helpanto.

109. Ĉu vi volas peti de via sendito tion, kio estis petita de Moseo antaŭe? Kiu fordonas sian kredon kontraŭ miskredo, tiu deflankiĝas de la rekta vojo.

110. Multaj el la popolo de la Skribo – pro envio – volas igi miskredantoj vin, kiuj jam kredas, kvankam al ili la vero estis evidentigita. Tamen vi pardonu kaj turnu vin for de ili, ĝis Allah sciigos al vi Sian dekreton. Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

111. Kaj levu la preĝon kaj donu almozojn; la bonon, kiun vi faras, vi retrovos ĉe Allah. Vere Allah vidas, kion vi faras.

---

* Ambaŭ vortoj havas preskaŭ la saman signifon kaj estas uzataj kutime por altiri la atenton, kiam oni volas diri ion gravan (Ra'enā • rigardu! Unzurnā • aŭskultu! ). La Judoj tamen kutimis mise elparoli la vorton ra'enā parolante kun la Profeto, por moki lin, dirante "ra'ina", kio signifas "tromemfida stultulo". La Korano do ordonas eviti tiun vorton, kiu povus estigi miskomprenon.

بِهٖ مِنْ اَحَدٍ اِلَّا بِاِذْنِ اللّٰهِ ؕ وَ يَتَعَلَّمُوْنَ مَا يَضُرُّهُمْ
وَلَا يَنْفَعُهُمْ ؕ وَلَقَدْ عَلِمُوْا لَمَنِ اشْتَرٰىهُ مَا لَهٗ فِي
الْاٰخِرَةِ مِنْ خَلَاقٍ ؕ وَلَبِئْسَ مَا شَرَوْا بِهٖۤ اَنْفُسَهُمْ ؕ
لَوْ كَانُوْا يَعْلَمُوْنَ ﴿١٠٣﴾
وَلَوْ اَنَّهُمْ اٰمَنُوْا وَاتَّقَوْا لَمَثُوْبَةٌ مِّنْ عِنْدِ اللّٰهِ خَيْرٌ ؕ
لَوْ كَانُوْا يَعْلَمُوْنَ ﴿١٠٤﴾ ع ١٢ ١٢
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَقُوْلُوْا رَاعِنَا وَقُوْلُوا انْظُرْنَا
وَاسْمَعُوْا ؕ وَلِلْكٰفِرِيْنَ عَذَابٌ اَلِيْمٌ ﴿١٠٥﴾
مَا يَوَدُّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا مِنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ وَلَا الْمُشْرِكِيْنَ
اَنْ يُّنَزَّلَ عَلَيْكُمْ مِّنْ خَيْرٍ مِّنْ رَّبِّكُمْ ؕ وَاللّٰهُ يَخْتَصُّ
بِرَحْمَتِهٖ مَنْ يَّشَآءُ ؕ وَاللّٰهُ ذُو الْفَضْلِ الْعَظِيْمِ ﴿١٠٦﴾
مَا نَنْسَخْ مِنْ اٰيَةٍ اَوْ نُنْسِهَا نَاْتِ بِخَيْرٍ مِّنْهَاۤ اَوْ
مِثْلِهَا ؕ اَلَمْ تَعْلَمْ اَنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿١٠٧﴾
اَلَمْ تَعْلَمْ اَنَّ اللّٰهَ لَهٗ مُلْكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ؕ وَ
مَا لَكُمْ مِّنْ دُوْنِ اللّٰهِ مِنْ وَّلِيٍّ وَّلَا نَصِيْرٍ ﴿١٠٨﴾
اَمْ تُرِيْدُوْنَ اَنْ تَسْـَٔلُوْا رَسُوْلَكُمْ كَمَا سُئِلَ مُوْسٰى مِنْ
قَبْلُ ؕ وَمَنْ يَّتَبَدَّلِ الْكُفْرَ بِالْاِيْمَانِ فَقَدْ ضَلَّ سَوَآءَ
السَّبِيْلِ ﴿١٠٩﴾
وَدَّ كَثِيْرٌ مِّنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ لَوْ يَرُدُّوْنَكُمْ مِّنْ بَعْدِ
اِيْمَانِكُمْ كُفَّارًا ۚۖ حَسَدًا مِّنْ عِنْدِ اَنْفُسِهِمْ
مِّنْ بَعْدِ مَا تَبَيَّنَ لَهُمُ الْحَقُّ ۚ فَاعْفُوْا وَاصْفَحُوْا
حَتّٰى يَاْتِيَ اللّٰهُ بِاَمْرِهٖ ؕ اِنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿١١٠﴾

112. Ili diras: ”Neniu eniros la Paradizon krom la Kristanoj aŭ la Judoj”. Tiaj estas iliaj vanaj deziroj. Diru: ”Alportu vian pruvon, se vi estas sinceraj”.

113. Ne! Kiu sin submetas al Allah kaj bonfaras, tiu ricevos la rekompencon de nia Sinjoro kaj por ili ne plu estos timo nek malgajeco.

114. La Judoj diras: ”Neniun pruvon havas la Kristanoj”, kaj la Kristanoj diras: ”Neniun pruvon havas la Judoj”; ili tamen ĉiuj observas la saman Skribon. Tiel jam parolis la nesciantoj, tute simile. Allah juĝos ilin en la tago de la reviviĝo pro tio, pri kio ili malkonsentis.

115. Kiu pli pekas ol tiu, kiu malhelpas la laŭdadon de la nomo de Allah en Liaj sanktejoj kaj klopodas detrui ilin? Ili ne devus eniri ilin krom respektegante. Por ili estas en ĉi tiu vivo nur honto kaj en la vivo venonta estos grava puno.

116. Al Allah apartenas la Oriento kaj la Okcidento. Cie, kien vi turnas vin, tie Li estas. Vere Allah estas grandanima, ĉioscia.

117. Ili diras: ”Allah prenis al si filon”. Ne! Sankta Li estas! Lia estas ĉio, sub la ĉieloj kaj sur la tero. Ĉio obeas al Li.

118. La Kreinto de la ĉieloj kaj de la tero. Ciufoje, kiam Li dekretas ion, Li nur diras al ĝi: ”Estu! ” kaj ĝi estas.

119. La nesciantoj diras: ”Kial Allah ne parolas al ni aŭ ne donas signojn? ”. Jam antaŭe iuj tiel parolis kiel ili. Similaj estas iliaj koroj. Vere Ni evidentigis la signojn por la popolo firme kredanta;

وَأَقِيمُوا الصَّلَوٰةَ وَءَاتُوا الزَّكَوٰةَ ۚ وَمَا تُقَدِّمُوا لِأَنفُسِكُم مِّنْ خَيْرٍ تَجِدُوهُ عِندَ اللَّهِ ۗ إِنَّ اللَّهَ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ﴿١١١﴾

وَقَالُوا لَن يَدْخُلَ الْجَنَّةَ إِلَّا مَن كَانَ هُودًا أَوْ نَصَارَىٰ ۗ تِلْكَ أَمَانِيُّهُمْ ۗ قُلْ هَاتُوا بُرْهَانَكُمْ إِن كُنتُمْ صَادِقِينَ ﴿١١٢﴾

بَلَىٰ مَنْ أَسْلَمَ وَجْهَهُ لِلَّهِ وَهُوَ مُحْسِنٌ فَلَهُ أَجْرُهُ عِندَ رَبِّهِ وَلَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ يَحْزَنُونَ ﴿١١٣﴾ ع

وَقَالَتِ الْيَهُودُ لَيْسَتِ النَّصَارَىٰ عَلَىٰ شَيْءٍ وَقَالَتِ النَّصَارَىٰ لَيْسَتِ الْيَهُودُ عَلَىٰ شَيْءٍ وَهُمْ يَتْلُونَ الْكِتَابَ ۗ كَذَٰلِكَ قَالَ الَّذِينَ لَا يَعْلَمُونَ مِثْلَ قَوْلِهِمْ ۚ فَاللَّهُ يَحْكُمُ بَيْنَهُمْ يَوْمَ الْقِيَامَةِ فِيمَا كَانُوا فِيهِ يَخْتَلِفُونَ ﴿١١٤﴾

وَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّن مَّنَعَ مَسَاجِدَ اللَّهِ أَن يُذْكَرَ فِيهَا اسْمُهُ وَسَعَىٰ فِي خَرَابِهَا ۚ أُولَٰئِكَ مَا كَانَ لَهُمْ أَن يَدْخُلُوهَا إِلَّا خَائِفِينَ ۚ لَهُمْ فِي الدُّنْيَا خِزْيٌ وَلَهُمْ فِي الْآخِرَةِ عَذَابٌ عَظِيمٌ ﴿١١٥﴾

وَلِلَّهِ الْمَشْرِقُ وَالْمَغْرِبُ ۚ فَأَيْنَمَا تُوَلُّوا فَثَمَّ وَجْهُ اللَّهِ ۚ إِنَّ اللَّهَ وَاسِعٌ عَلِيمٌ ﴿١١٦﴾

وَقَالُوا اتَّخَذَ اللَّهُ وَلَدًا ۗ سُبْحَانَهُ ۖ بَل لَّهُ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۖ كُلٌّ لَّهُ قَانِتُونَ ﴿١١٧﴾

بَدِيعُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۖ وَإِذَا قَضَىٰ أَمْرًا فَإِنَّمَا يَقُولُ لَهُ كُن فَيَكُونُ ﴿١١٨﴾

120. vere Ni sendis vin kun la vero kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton kaj vi ne estos devigata responsi pri la loĝantoj de l' infero.

121. Neniam konsentos kun vi la Judoj nek la Kristanoj, krom se vi sekvos ilian kredon. Diru: "Vere la gvidilo de Allah estas unika". Se vi tamen, post kiam al vi venis la scio, volos sekvi iliajn malbonajn dezirojn, por vi ne estos ĉe Allah protektanto nek helpanto.

122. Tiuj, al kiuj Ni donis la Libron, proklamas ĝin laŭvere. Estas ili tiuj, kiuj kredas je ĝi. La miskredantoj estos la perdantoj!

123. Ho vi idoj de Izrael! Memoru la gracojn, kiujn Mi donis al vi, kaj ke Mi altigis vin super ĉiuj nacioj!

124. Timu la tagon, en kiu neniu ricevos la rekompencon destinitan al alia, kaj ne estos akceptita elaĉeto de ili, kaj neniu propeto estos utila, kaj neniu helpo estos por ili!

125. Memoru, kiam elprovis Abrahamon Lia Sinjoro per Siaj vortoj kaj li eltenis tiun elprovon. Li diris: "Mi faros vin gvidanto de la gentoj" kaj Abraham demandis: "Kio estos pri mia idaro? ". Li respondis: "Mia alianco ne koncernas la pekemulojn".

126. Memoru, kiam Ni faris la Domon kunvenejo por la gentoj kaj rifuĝejo. "Elektu la restadejon de Abraham kiel preĝejon! " kaj Ni ordonis al Abraham kaj Iŝmael: "Purigu Mian Domon por la ĉirkaŭirantoj kaj por la meditantoj kaj por la genufleksantoj kaj terenkuŝiĝantoj".

وَقَالَ الَّذِيْنَ لَا يَعْلَمُوْنَ لَوْلَا يُكَلِّمُنَا اللّٰهُ اَوْ تَاْتِيْنَآ
اٰيَةٌ ۗ كَذٰلِكَ قَالَ الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ مِّثْلَ قَوْلِهِمْ ۗ
تَشَابَهَتْ قُلُوْبُهُمْ ۗ قَدْ بَيَّنَّا الْاٰيٰتِ لِقَوْمٍ يُّوْقِنُوْنَ ﴿۱۱۸﴾
اِنَّآ اَرْسَلْنٰكَ بِالْحَقِّ بَشِيْرًا وَّنَذِيْرًا ۙ وَّلَا تُسْـَٔلُ عَنْ
اَصْحٰبِ الْجَحِيْمِ ﴿۱۱۹﴾
وَلَنْ تَرْضٰى عَنْكَ الْيَهُوْدُ وَلَا النَّصٰرٰى حَتّٰى تَتَّبِعَ
مِلَّتَهُمْ ۗ قُلْ اِنَّ هُدَى اللّٰهِ هُوَ الْهُدٰى ۗ وَلَئِنِ
اتَّبَعْتَ اَهْوَآءَهُمْ بَعْدَ الَّذِيْ جَآءَكَ مِنَ الْعِلْمِ ۙ
مَا لَكَ مِنَ اللّٰهِ مِنْ وَّلِيٍّ وَّلَا نَصِيْرٍ ﴿۱۲۰﴾
اَلَّذِيْنَ اٰتَيْنٰهُمُ الْكِتٰبَ يَتْلُوْنَهٗ حَقَّ تِلَاوَتِهٖ ۗ اُولٰٓئِكَ
يُؤْمِنُوْنَ بِهٖ ۗ وَمَنْ يَّكْفُرْ بِهٖ فَاُولٰٓئِكَ هُمُ الْخٰسِرُوْنَ ﴿۱۲۱﴾
يٰبَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ اذْكُرُوْا نِعْمَتِيَ الَّتِيْٓ اَنْعَمْتُ عَلَيْكُمْ
وَاَنِّيْ فَضَّلْتُكُمْ عَلَى الْعٰلَمِيْنَ ﴿۱۲۲﴾
وَاتَّقُوْا يَوْمًا لَّا تَجْزِيْ نَفْسٌ عَنْ نَّفْسٍ شَيْـًٔا وَّ
لَا يُقْبَلُ مِنْهَا عَدْلٌ وَّلَا تَنْفَعُهَا شَفَاعَةٌ وَّلَا هُمْ
يُنْصَرُوْنَ ﴿۱۲۳﴾
وَاِذِ ابْتَلٰٓى اِبْرٰهٖمَ رَبُّهٗ بِكَلِمٰتٍ فَاَتَمَّهُنَّ ۗ قَالَ اِنِّيْ
جَاعِلُكَ لِلنَّاسِ اِمَامًا ۗ قَالَ وَمِنْ ذُرِّيَّتِيْ ۗ قَالَ
لَا يَنَالُ عَهْدِي الظّٰلِمِيْنَ ﴿۱۲۴﴾
وَاِذْ جَعَلْنَا الْبَيْتَ مَثَابَةً لِّلنَّاسِ وَاَمْنًا ۗ وَاتَّخِذُوْا
مِنْ مَّقَامِ اِبْرٰهٖمَ مُصَلًّى ۗ وَعَهِدْنَآ اِلٰٓى اِبْرٰهٖمَ
وَاِسْمٰعِيْلَ اَنْ طَهِّرَا بَيْتِيَ لِلطَّآئِفِيْنَ وَالْعٰكِفِيْنَ
وَالرُّكَّعِ السُّجُوْدِ ﴿۱۲۵﴾

127. Memoru, kiam Abraham diris: "Faru ĉi tiun lokon paca kaj donu fruktojn al tiuj el ĝiaj loĝantoj, kiuj kredas je Allah kaj al la tago de la Juĝo". Kaj Li diris: "Ankaŭ la miskredanton Mi lasos en kontento por kelke da tempo, poste Mi puŝos lin al la puno de la fajro; tio estas malbona destino! ".

وَإِذْ قَالَ إِبْرٰهٖمُ رَبِّ اجْعَلْ هٰذَا بَلَدًا اٰمِنًا وَّارْزُقْ
اَهْلَهٗ مِنَ الثَّمَرٰتِ مَنْ اٰمَنَ مِنْهُمْ بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ
الْاٰخِرِ ۗ قَالَ وَمَنْ كَفَرَ فَاُمَتِّعُهٗ قَلِيْلًا ثُمَّ اَضْطَرُّهٗٓ
اِلٰى عَذَابِ النَّارِ ۗ وَبِئْسَ الْمَصِيْرُ ﴿١٢٦﴾

128. Memoru, kiam Abraham kaj Îsmael starigis la fundamenton de la Domo: "Nia Sinjoro, akceptu tion de ni, vere Vi estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia,

وَاِذْ يَرْفَعُ اِبْرٰهٖمُ الْقَوَاعِدَ مِنَ الْبَيْتِ وَاِسْمٰعِيْلُ ۗ
رَبَّنَا تَقَبَّلْ مِنَّا ۗ اِنَّكَ اَنْتَ السَّمِيْعُ الْعَلِيْمُ ﴿١٢٧﴾

129. nia Sinjoro, faru nin kaj nian idaron submetiĝemaj al Vi. Montru al ni la vojojn de la adorado kaj turnu Vin kompateme al ni; vere Vi estas la Kompatema, la Pardonema.

رَبَّنَا وَاجْعَلْنَا مُسْلِمَيْنِ لَكَ وَمِنْ ذُرِّيَّتِنَآ اُمَّةً
مُّسْلِمَةً لَّكَ ۖ وَاَرِنَا مَنَاسِكَنَا وَتُبْ عَلَيْنَا ۚ اِنَّكَ اَنْتَ
التَّوَّابُ الرَّحِيْمُ ﴿١٢٨﴾

130. Nia Sinjoro, estigu inter ili senditon el ilia mezo, kiu montru al ili Viajn signojn kaj instruu al ili la Libron kaj la saĝon kaj purigu ilin; vere Vi estas la Ĉiopova, la Saĝa! ".

رَبَّنَا وَابْعَثْ فِيْهِمْ رَسُوْلًا مِّنْهُمْ يَتْلُوْا عَلَيْهِمْ
اٰيٰتِكَ وَيُعَلِّمُهُمُ الْكِتٰبَ وَالْحِكْمَةَ وَيُزَكِّيْهِمْ ۗ
اِنَّكَ اَنْتَ الْعَزِيْزُ الْحَكِيْمُ ﴿١٢٩﴾ ع ١٥

131. Kiu deturnos sin de la religio de Abraham, krom la stultuloj kontraŭ si mem? Lin Ni vere elektis en ĉi tiu vivo kaj vere li estos en la vivo venonta inter la justuloj.

وَمَنْ يَّرْغَبُ عَنْ مِّلَّةِ اِبْرٰهٖمَ اِلَّا مَنْ سَفِهَ نَفْسَهٗ ۗ
وَلَقَدِ اصْطَفَيْنٰهُ فِى الدُّنْيَا ۚ وَاِنَّهٗ فِى الْاٰخِرَةِ
لَمِنَ الصّٰلِحِيْنَ ﴿١٣٠﴾

132. Kiam lia Sinjoro diris al li: "Submetiĝu! ", li diris: "Mi submetiĝis al la Sinjoro de l' Universo! ".

اِذْ قَالَ لَهٗ رَبُّهٗٓ اَسْلِمْ ۙ قَالَ اَسْلَمْتُ لِرَبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿١٣١﴾

133. La samon rekomendis Abraham kaj Jakob al siaj filoj: "Ho filoj! Vere Allah elektis por vi ĉi tiun religion, do ne mortu, antaŭ ol vi estos submetiĝintaj".

وَوَصّٰى بِهَآ اِبْرٰهٖمُ بَنِيْهِ وَيَعْقُوْبُ ۗ يٰبَنِىَّ اِنَّ اللّٰهَ
اصْطَفٰى لَكُمُ الدِّيْنَ فَلَا تَمُوْتُنَّ اِلَّا وَاَنْتُمْ مُّسْلِمُوْنَ ﴿١٣٢﴾

134. Ĉu vi ĉeestis, kiam alproksimiĝis la morto al Jakob? Tiam li diris al siaj filoj: "Kion vi adoros post mi? " kaj ili respondis: "Ni adoros la Dion de vi kaj de viaj prapatroj Abraham kaj Îsmael kaj Isaak, la Dion ununuran, kaj al Li ne submetiĝos".

اَمْ كُنْتُمْ شُهَدَآءَ اِذْ حَضَرَ يَعْقُوْبَ الْمَوْتُ ۙ اِذْ قَالَ
لِبَنِيْهِ مَا تَعْبُدُوْنَ مِنْ بَعْدِىْ ۗ قَالُوْا نَعْبُدُ اِلٰهَكَ
وَاِلٰهَ اٰبَآئِكَ اِبْرٰهٖمَ وَاِسْمٰعِيْلَ وَاِسْحٰقَ اِلٰهًا وَّاحِدًا ۚۖ
وَّنَحْنُ لَهٗ مُسْلِمُوْنَ ﴿١٣٣﴾

135. Tiu popolo jam estas pasinta; por ili estas tio, kion ili meritis, kaj por vi estos tio, kion vi meritos, kaj vi ne estos devigataj respondi pri iliaj agoj.

136. Ili diras: "Fariĝu Judoj aŭ Kristanoj por ke vi estu gvidataj". Diru: "Ne! Sekvu vi la religion de Abraham la justulo: li neniam estis idolano".

137. Diru: "Ni kredas je Allah kaj je tio, kion Li sendis al ni, kaj je tio, kion Li sendis al Abraham kaj Iŝmael kaj Isaak kaj Jakob kaj al ilia idaro, kaj je tio, kio estis donita al Moseo kaj al Jesuo, kaj je tio, kio estis donita al la profetoj de ilia Sinjoro. Ni neniel distingas inter ili kaj ni submetiĝas al Li".

138. Se ili kredos laŭ la ekzemplo, kiel vi kredis, tiam vere ili estos bone gvidataj, sed, se ili deturnos sin, ili estigos skismon; tamen Allah sufiĉos por vi kontraŭ ili. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

139. Ni akceptas la religion de Allah; kiu estas pli taŭga ol Allah por instrui la religion? Ni adoras Lin.

140. Diru: "Ĉu vi disputos kun ni pri Allah? Li estas via Sinjoro kaj ankaŭ nia Sinjoro. Ni havas niajn verkojn kaj vi havas viajn kaj ni estas sincere submetiĝintaj al Li".

141. Ĉu vi dirus, ke Abraham kaj Iŝmael kaj Isaak kaj Jakob kaj ilia idaro estis Judoj aŭ Kristanoj? Diru: "Ĉu vi tion pli bone scias ol Allah? Kiu estas pli pekema ol tiu, kiu kaŝas la pruvojn ricevitajn de Allah? Allah ne ignoras kion vi faras!"

142. Tiu popolo jam estas pasinta; por ili estas tio, kion ili meritis, kaj por vi estos tio, kion vi meritos, kaj vi ne estos devigataj respondi pri iliaj agoj.

* Fino de la 1-a parto

تلك أمة قد خلت لها ما كسبت ولكم ما
كسبتم ولا تسئلون عما كانوا يعملون ١٣٥
وقالوا كونوا هودا أو نصرى تهتدوا قل بل
ملة إبرهم حنيفا وما كان من المشركين ١٣٦
قولوا آمنا بالله وما أنزل إلينا وما أنزل إلى
إبرهم وإسمعيل وإسحق ويعقوب والأسباط
وما أوتي موسى وعيسى وما أوتي النبيون من ربهم
لا نفرق بين أحد منهم ونحن له مسلمون ١٣٧
فإن آمنوا بمثل ما آمنتم به فقد اهتدوا وإن
تولوا فإنما هم في شقاق فسيكفيكهم الله وهو
السميع العليم ١٣٨
صبغة الله ومن أحسن من الله صبغة ونحن
له عبدون ١٣٩
قل أتحاجوننا في الله وهو ربنا وربكم ولنا
أعمالنا ولكم أعمالكم ونحن له مخلصون ١٤٠
أم تقولون إن إبرهم وإسمعيل وإسحق و
يعقوب والأسباط كانوا هودا أو نصرى قل
ءأنتم أعلم أم الله ومن أظلم ممن كتم
شهادة عنده من الله وما الله بغافل عما
تعملون ١٤١
تلك أمة قد خلت لها ما كسبت ولكم ما
كسبتم ولا تسئلون عما كانوا يعملون ١٤٢

143. La stultuloj el la popolo diras: "Kio turnis ilin for de la orientado, kiun ili observis? ". Diru: "Al Allah apartenas la Oriento kaj la Okcidento, Li gvidas, kiun Li volas, sur la rektan vojon".

144. Tiel Ni faris vin elektita popolo, por ke vi estu gardantoj super la homaro kaj por ke la sendito estu gardanto super vi. Kaj Ni nur difinis tiun orientadon, kiun vi observis, por distingi la sekvantojn de la sendito disde tiuj, kiuj turniĝis sur siaj kalkanoj. Vere tio estas malfacila krom por tiuj, kiujn Allah gvidas, kaj Allah ne permesos, ke via kredo fariĝu vana. Vere Allah estas kompatema, pardonema kontraŭ la homoj.

145. Vere Ni vidas vin turni ofte viajn vizaĝojn al la ĉielo; jen Ni turnos vin al direkto, kiu plaĉas al vi. Turnu viajn vizaĝojn al la Sankta Moskeo kaj, kie ajn vi estos, turnu viajn vizaĝojn al ĝi. Kiuj ricevis la Libron, scias ke ĝi estas la vero de ilia Sinjoro. Allah ne ignoras, kion ili faras.

146. Eĉ se vi donus al tiuj, kiuj ricevis la Libron, iun ajn signon, ili neniam observus vian orientadon, kaj vi ankaŭ ne observis ilian orientadon, nek iuj el ili observus la orientadon de aliaj, sed se vi sekvus – post kiam vi ricevis la veran scion – iliajn vanajn dezirojn, vere tiam vi estus malbonfaranto.

147. Tiuj, kiuj ricevis de Ni la Libron, konas ĝin, kiel ili konas siajn filojn, kaj vere iuj el ili kaŝas la veron, kvankam ili konas ĝin.

148. La vero venas de via Sinjoro. Do vi ne estu dubantoj.

سَيَقُولُ السُّفَهَآءُ مِنَ النَّاسِ مَا وَلّٰىهُمْ عَنْ
قِبْلَتِهِمُ الَّتِي كَانُوا عَلَيْهَا ۚ قُلْ لِّلّٰهِ الْمَشْرِقُ وَ
الْمَغْرِبُ ۚ يَهْدِي مَنْ يَّشَآءُ إِلٰى صِرَاطٍ مُّسْتَقِيمٍ ﴿١٤٢﴾
وَكَذٰلِكَ جَعَلْنٰكُمْ أُمَّةً وَّسَطًا لِّتَكُونُوا شُهَدَآءَ عَلَى
النَّاسِ وَيَكُونَ الرَّسُولُ عَلَيْكُمْ شَهِيدًا ۗ وَمَا جَعَلْنَا
الْقِبْلَةَ الَّتِي كُنْتَ عَلَيْهَآ إِلَّا لِنَعْلَمَ مَنْ يَّتَّبِعُ الرَّسُولَ
مِمَّنْ يَّنْقَلِبُ عَلٰى عَقِبَيْهِ ۚ وَإِنْ كَانَتْ لَكَبِيرَةً إِلَّا
عَلَى الَّذِينَ هَدَى اللّٰهُ ۗ وَمَا كَانَ اللّٰهُ لِيُضِيعَ إِيمَانَكُمْ
إِنَّ اللّٰهَ بِالنَّاسِ لَرَءُوفٌ رَّحِيمٌ ﴿١٤٣﴾
قَدْ نَرٰى تَقَلُّبَ وَجْهِكَ فِي السَّمَآءِ ۚ فَلَنُوَلِّيَنَّكَ
قِبْلَةً تَرْضٰىهَا ۠ فَوَلِّ وَجْهَكَ شَطْرَ الْمَسْجِدِ الْحَرَامِ
وَحَيْثُ مَا كُنْتُمْ فَوَلُّوا وُجُوهَكُمْ شَطْرَهُ ۗ وَإِنَّ
الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتٰبَ لَيَعْلَمُونَ أَنَّهُ الْحَقُّ مِنْ رَّبِّهِمْ
وَمَا اللّٰهُ بِغٰفِلٍ عَمَّا يَعْمَلُونَ ﴿١٤٤﴾
وَلَئِنْ أَتَيْتَ الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتٰبَ بِكُلِّ اٰيَةٍ مَّا تَبِعُوا
قِبْلَتَكَ ۚ وَمَآ أَنْتَ بِتَابِعٍ قِبْلَتَهُمْ ۚ وَمَا بَعْضُهُمْ بِتَابِعٍ
قِبْلَةَ بَعْضٍ ۚ وَلَئِنِ اتَّبَعْتَ أَهْوَآءَهُمْ مِّنْ بَعْدِ مَا
جَآءَكَ مِنَ الْعِلْمِ ۙ إِنَّكَ إِذًا لَّمِنَ الظّٰلِمِينَ ﴿١٤٥﴾
الَّذِينَ اٰتَيْنٰهُمُ الْكِتٰبَ يَعْرِفُونَهُ كَمَا يَعْرِفُونَ أَبْنَآءَهُمْ
وَإِنَّ فَرِيقًا مِّنْهُمْ لَيَكْتُمُونَ الْحَقَّ وَهُمْ يَعْلَمُونَ ﴿١٤٦﴾
الْحَقُّ مِنْ رَّبِّكَ فَلَا تَكُونَنَّ مِنَ الْمُمْتَرِينَ ﴿١٤٧﴾ ع

149. Ĉiu havas celon, kiun li deziregas, do vi konkuru unu kun la alia pri la bonaj verkoj. Kie ajn vi estos, Allah kunvenigos vin ĉiujn. Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

وَلِكُلٍّ وِجْهَةٌ هُوَ مُوَلِّيهَا فَاسْتَبِقُوا الْخَيْرَاتِ ۗ أَيْنَ
مَا تَكُونُوا يَأْتِ بِكُمُ اللَّهُ جَمِيعًا ۚ إِنَّ اللَّهَ عَلَىٰ كُلِّ
شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿١٤٨﴾

150. De kie ajn vi venos, turnu viajn vizaĝojn al la Sankta Moskeo; sendube tio estas la vero de via Sinjoro. Allah ne ignoras, kion vi faras.

وَمِنْ حَيْثُ خَرَجْتَ فَوَلِّ وَجْهَكَ شَطْرَ الْمَسْجِدِ
الْحَرَامِ ۖ وَإِنَّهُ لَلْحَقُّ مِنْ رَبِّكَ ۗ وَمَا اللَّهُ بِغَافِلٍ
عَمَّا تَعْمَلُونَ ﴿١٤٩﴾

151. De kie ajn vi venos, turnu viajn vizaĝojn al la Sankta Moskeo kaj, kie ajn vi estos, turnu viajn vizaĝojn al ĝi, por ke la gentoj ne havu argumentojn kontraŭ vi – krom la malpieguloj inter ili – sed ne timu ilin, male, respektegu nur Min, por ke Mi perfektigu Mian favoron al vi kaj por ke vi estu gvidataj.

وَمِنْ حَيْثُ خَرَجْتَ فَوَلِّ وَجْهَكَ شَطْرَ الْمَسْجِدِ
الْحَرَامِ ۚ وَحَيْثُ مَا كُنْتُمْ فَوَلُّوا وُجُوهَكُمْ شَطْرَهُ
لِئَلَّا يَكُونَ لِلنَّاسِ عَلَيْكُمْ حُجَّةٌ إِلَّا الَّذِينَ ظَلَمُوا
مِنْهُمْ فَلَا تَخْشَوْهُمْ وَاخْشَوْنِي وَلِأُتِمَّ نِعْمَتِي
عَلَيْكُمْ وَلَعَلَّكُمْ تَهْتَدُونَ ﴿١٥٠﴾

152. Tiel Ni sendis al vi el via mezo senditon, kiu montras al vi Niajn signojn kaj purigas vin kaj instruas al vi la Libron kaj la saĝon kaj instruas al vi tion, kion vi ne sciis.

كَمَا أَرْسَلْنَا فِيكُمْ رَسُولًا مِنْكُمْ يَتْلُو عَلَيْكُمْ آيَاتِنَا
وَيُزَكِّيكُمْ وَيُعَلِّمُكُمُ الْكِتَابَ وَالْحِكْمَةَ وَيُعَلِّمُكُمْ
مَا لَمْ تَكُونُوا تَعْلَمُونَ ﴿١٥١﴾

153. Memoru Min kaj Mi memoros vin, kaj danku Min kaj ne estu sendankaj.

ع فَاذْكُرُونِي أَذْكُرْكُمْ وَاشْكُرُوا لِي وَلَا تَكْفُرُونِ ﴿١٥٢﴾

154. Ho vi kredantoj, serĉu helpon per pacienco kaj preĝo; vere Allah estas kun la pacienculoj;

يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا اسْتَعِينُوا بِالصَّبْرِ وَالصَّلَاةِ ۚ إِنَّ
اللَّهَ مَعَ الصَّابِرِينَ ﴿١٥٣﴾

155. kaj ne diru, pri tiuj, kiuj estas mortigitaj por la afero de Allah, ke ili estas mortintaj. Ne! Ili vivas, sed vi ne perceptas ilin.

وَلَا تَقُولُوا لِمَنْ يُقْتَلُ فِي سَبِيلِ اللَّهِ أَمْوَاتٌ ۚ بَلْ
أَحْيَاءٌ وَلَٰكِنْ لَا تَشْعُرُونَ ﴿١٥٤﴾

156. Ni elprovos vin per iom da timo kaj da malsato kaj da perdo de havaĵoj kaj de vivo kaj de fruktoj; donu tamen la bonan novaĵon al la pacienculoj,

وَلَنَبْلُوَنَّكُمْ بِشَيْءٍ مِنَ الْخَوْفِ وَالْجُوعِ وَنَقْصٍ مِنَ
الْأَمْوَالِ وَالْأَنْفُسِ وَالثَّمَرَاتِ ۗ وَبَشِّرِ الصَّابِرِينَ ﴿١٥٥﴾

157. kiuj diras, kiam iu malfeliĉo trafas ilin: ”Vere ni apartenas al Allah kaj vere ni revenos al Li”.

الَّذِينَ إِذَا أَصَابَتْهُمْ مُصِيبَةٌ قَالُوا إِنَّا لِلَّهِ وَإِنَّا
إِلَيْهِ رَاجِعُونَ ﴿١٥٦﴾

158. Sur ilin venos la beno kaj la graco de ilia Sinjoro kaj ili estos gvidataj.

159. Vere la montetoj As-Safā kaj Al-Marva* estas memorigaĵoj pri Allah, do por tiu, kiu plenumos la pligrimon al la Domo aŭ la Umra-on**, ne estos peko ĉirkaŭiri ilin ambaŭ. Kiu pli bonfaros ol estas devo, tiu sciu: vere Allah estas ŝatema, ĉioscia.

160. Vere, kiuj kaŝas la signojn manifestitajn kaj la gvidilon, kiujn Ni sendis, post kiam Ni manifestis ilin al la gentoj, tiujn Allah malbenos kaj tiujn ĉiuj riproĉos.

161. Al tiuj tamen, kiuj pentos kaj pliboniĝos kaj proklamos la veron, Mi turnos Min kompateme, ĉar Mi estas la Kompatema, la Pardonema.

162. Vere sur la miskredantojn, kiuj restos tiaj ĝis la morto, falos la malbeno de Allah kaj de la anĝeloj kaj de la gentoj ĉiuj kune.

163. Sub ĝi ili restos ĉiam; ilia puno neniam malgraviĝos kaj por ili ne estos prokrasto.

164. Via Dio estas la sola Dio; krom Li ne ekzistas alia Dio, Li estas la Donema, la Pardonema.

165. Vere estas signoj, por la gentoj, kiuj komprenas, en la kreo de la ĉieloj kaj de la tero kaj en la alternado de la nokto kaj de la tago kaj en la ŝipoj, kiuj sulkas la maron por la utilo de la homoj, kaj en la akvo, kiun Allah sendas el la ĉielo kaj per kiu Li vivigas la teron sekiĝintan – kaj sur ĝin Li dissendas bestojn ĉiuspecajn – kaj en la alternado de la ventoj kaj de la nuboj, kiuj estas devigataj servi inter la ĉielo kaj la tero.

أُولَٰئِكَ عَلَيْهِمْ صَلَوَاتٌ مِّن رَّبِّهِمْ وَرَحْمَةٌ ۖ وَ
أُولَٰئِكَ هُمُ الْمُهْتَدُونَ ﴿١٥٧﴾
إِنَّ الصَّفَا وَالْمَرْوَةَ مِن شَعَائِرِ اللَّهِ ۖ فَمَنْ حَجَّ
الْبَيْتَ أَوِ اعْتَمَرَ فَلَا جُنَاحَ عَلَيْهِ أَن يَطَّوَّفَ
بِهِمَا ۚ وَمَن تَطَوَّعَ خَيْرًا فَإِنَّ اللَّهَ شَاكِرٌ
عَلِيمٌ ﴿١٥٨﴾
إِنَّ الَّذِينَ يَكْتُمُونَ مَا أَنزَلْنَا مِنَ الْبَيِّنَاتِ وَالْهُدَىٰ
مِن بَعْدِ مَا بَيَّنَّاهُ لِلنَّاسِ فِي الْكِتَابِ ۙ أُولَٰئِكَ يَلْعَنُهُمُ
اللَّهُ وَيَلْعَنُهُمُ اللَّاعِنُونَ ﴿١٥٩﴾
إِلَّا الَّذِينَ تَابُوا وَأَصْلَحُوا وَبَيَّنُوا فَأُولَٰئِكَ أَتُوبُ
عَلَيْهِمْ ۚ وَأَنَا التَّوَّابُ الرَّحِيمُ ﴿١٦٠﴾
إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا وَمَاتُوا وَهُمْ كُفَّارٌ أُولَٰئِكَ
عَلَيْهِمْ لَعْنَةُ اللَّهِ وَالْمَلَائِكَةِ وَالنَّاسِ أَجْمَعِينَ ﴿١٦١﴾
خَالِدِينَ فِيهَا ۖ لَا يُخَفَّفُ عَنْهُمُ الْعَذَابُ وَلَا
هُمْ يُنظَرُونَ ﴿١٦٢﴾
وَإِلَٰهُكُمْ إِلَٰهٌ وَاحِدٌ ۖ لَّا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ الرَّحْمَٰنُ الرَّحِيمُ ﴿١٦٣﴾ ع
إِنَّ فِي خَلْقِ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَاخْتِلَافِ اللَّيْلِ وَ
النَّهَارِ وَالْفُلْكِ الَّتِي تَجْرِي فِي الْبَحْرِ بِمَا يَنفَعُ
النَّاسَ وَمَا أَنزَلَ اللَّهُ مِنَ السَّمَاءِ مِن مَّاءٍ فَأَحْيَا
بِهِ الْأَرْضَ بَعْدَ مَوْتِهَا وَبَثَّ فِيهَا مِن كُلِّ دَابَّةٍ
وَتَصْرِيفِ الرِّيَاحِ وَالسَّحَابِ الْمُسَخَّرِ بَيْنَ السَّمَاءِ
وَالْأَرْضِ لَآيَاتٍ لِّقَوْمٍ يَعْقِلُونَ ﴿١٦٤﴾

---

* Du montetoj en Mekko, proksime de la Ka'ba

** v. verson 197an

166. Malgraŭ tio estas inter la homoj iuj, kiuj aldonas rivalojn al Allah, kaj donas al ili amon, kiel la amon al Allah. La kredantoj tamen ankoraŭ pli amas Allahon, kaj, se la malbonfarantoj scius, kiam ili vidos Lian punon, ili komprenus, ke ĉiu povo apartenas al Allah kaj ke Allah estas severa je la puno.

167. Se tiuj, kiuj gvidas, repuŝus siajn sekvantojn – kaj ili vidos la punon kaj iliaj ligiloj ĉiuj estos trancitaj! –

168. la sekvantoj dirus: "Se ni nur povus reiri, ni repuŝus ilin, kiel ili repuŝis nin". Tiel Allah montros al ili iliajn farojn; por ili estos doloro kaj ne estos savo de l' fajro.

169. Ho vi homoj! Manĝu tion, kio estas permesita kaj bona sur la tero, kaj ne sekvu la piedsignojn de Satano; vere li estas via evidenta malamiko,

170. vere li ordonas al vi nur malbonon kaj hontindaĵojn kaj faras, ke vi parolu pri Allah ion, kion vi ne scias.

171. Kiam estas dirite al ili: "Sekvu tion, kion Allah sendis", ili diras: "Ne! Ni sekvos tion, en kio ni trovis niajn prapatrojn". Kiel? Eĉ se iliaj prapatroj nenion komprenis kaj ne estis gvidataj?

172. La miskredantoj similas al iu, kiu nenion aŭdas krom vokon aŭ krion*. Surdaj, mutaj, blindaj, ili nenion komprenas.

173. Ho vi kredantoj, manĝu la bonajn aĵojn, kiujn Ni donis al vi, kaj danku Allahon, se estas Li Tiu, kiun vi adoras.

* Kutime oni interpretas ĉi tiun frazon: "...similas al homoj ĉirkaŭantaj iun, kiu vokas la bestojn, kiuj nur komprenas krion, sed ne komprenas vortojn".

وَمِنَ النَّاسِ مَنْ يَّتَّخِذُ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ اَنْدَادًا
يُّحِبُّوْنَهُمْ كَحُبِّ اللّٰهِ ؕ وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا اَشَدُّ حُبًّا
لِّلّٰهِ ؕ وَلَوْ يَرَى الَّذِيْنَ ظَلَمُوْٓا اِذْ يَرَوْنَ الْعَذَابَ ۙ
اَنَّ الْقُوَّةَ لِلّٰهِ جَمِيْعًا ۙ وَّاَنَّ اللّٰهَ شَدِيْدُ الْعَذَابِ ﴿١٦٦﴾
اِذْ تَبَرَّاَ الَّذِيْنَ اتُّبِعُوْا مِنَ الَّذِيْنَ اتَّبَعُوْا وَرَاَوُا الْعَذَابَ
وَتَقَطَّعَتْ بِهِمُ الْاَسْبَابُ ﴿١٦٧﴾
وَقَالَ الَّذِيْنَ اتَّبَعُوْا لَوْ اَنَّ لَنَا كَرَّةً فَنَتَبَرَّاَ مِنْهُمْ
كَمَا تَبَرَّءُوْا مِنَّا ؕ كَذٰلِكَ يُرِيْهِمُ اللّٰهُ اَعْمَالَهُمْ حَسَرٰتٍ
عَلَيْهِمْ ؕ وَمَا هُمْ بِخٰرِجِيْنَ مِنَ النَّارِ ﴿١٦٨﴾ ع
يٰٓاَيُّهَا النَّاسُ كُلُوْا مِمَّا فِى الْاَرْضِ حَلٰلًا طَيِّبًا ۖ وَّلَا
تَتَّبِعُوْا خُطُوٰتِ الشَّيْطٰنِ ؕ اِنَّهٗ لَكُمْ عَدُوٌّ مُّبِيْنٌ ﴿١٦٩﴾
اِنَّمَا يَاْمُرُكُمْ بِالسُّوْٓءِ وَالْفَحْشَآءِ وَاَنْ تَقُوْلُوْا عَلَى
اللّٰهِ مَا لَا تَعْلَمُوْنَ ﴿١٧٠﴾
وَاِذَا قِيْلَ لَهُمُ اتَّبِعُوْا مَآ اَنْزَلَ اللّٰهُ قَالُوْا بَلْ
نَتَّبِعُ مَآ اَلْفَيْنَا عَلَيْهِ اٰبَآءَنَا ؕ اَوَلَوْ كَانَ اٰبَآؤُهُمْ
لَا يَعْقِلُوْنَ شَيْـًٔا وَّلَا يَهْتَدُوْنَ ﴿١٧١﴾
وَمَثَلُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا كَمَثَلِ الَّذِيْ يَنْعِقُ بِمَا لَا يَسْمَعُ
اِلَّا دُعَآءً وَّنِدَآءً ؕ صُمٌّۢ بُكْمٌ عُمْيٌ فَهُمْ لَا
يَعْقِلُوْنَ ﴿١٧٢﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا كُلُوْا مِنْ طَيِّبٰتِ مَا رَزَقْنٰكُمْ
وَاشْكُرُوْا لِلّٰهِ اِنْ كُنْتُمْ اِيَّاهُ تَعْبُدُوْنَ ﴿١٧٣﴾

174. Vere Li malpermesis al vi ĉian mortintaĵon kaj sangon kaj viandon porkan kaj tion, super kio alia nomo estis vokita ol tiu de Allah. Kiu tamen estas puŝata de neceso – ne pro avido aŭ ekscesemo – por li tio ne estos peko. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

175. Kiuj kaŝas tion, kion Allah sendis el la Libro, kaj vendas ĝin kontraŭ malalta prezo, tiuj plenigas sian ventron per nenio alia ol per fajro, kaj Allah ne parolos al ili en la tago de la reviviĝo, kaj Li ne purigos ilin kaj por ili estos dolora puno.

176. Ili estas tiuj, kiuj vendas la gvidadon kontraŭ la erarado kaj pardonon kontraŭ puno; kiom granda estas ilia nekompreno de la fajro!

177. Tio estas, ĉar Allah sendis la Libron kun la vero, kaj certe tiuj, kiuj malkonsentas pri la Libro, iris malproksimen sur la vojo de la skismo.

178. Virto ne signifas turni vin orienten aŭ okcidenten, sed kredi je Allah kaj al la vivo venonta kaj je la anĝeloj kaj je la Libro kaj al la profetoj, kaj doni monon por la parencoj kaj por la orfoj kaj por la malriĉuloj kaj por la vojirantoj kaj por la almozuloj kaj por la elaĉeto de la malliberuloj, kaj levi preĝon, kaj doni almozojn, kaj respekti la aliancojn ĉiam, kiam ili estas faritaj; kaj havi firmecon en malriĉo kaj en malsano kaj en militempo. Kiuj tiel agas, tiuj estas sinceremuloj kaj justuloj.

179. Ho vi kredantoj, al vi estas ordonite repagi murdon laŭrajte: liberulon pro liberulo, sklavon pro sklavo, virinon pro virino; tamen se indulgo estos konsentita al iu ajn fare de lia frato, tiam la persekuto estu farita juste kaj la kulpulo pagu al li la murdopagon volonte. Tio estas por vi de via Sinjoro plifaciligo kaj graco. Por la ofendantoj post tio estos dolora puno.

إِنَّمَا حَرَّمَ عَلَيْكُمُ الْمَيْتَةَ وَالدَّمَ وَلَحْمَ الْخِنْزِيرِ
وَمَا أُهِلَّ بِهِ لِغَيْرِ اللَّهِ فَمَنِ اضْطُرَّ غَيْرَ بَاغٍ وَ
لَا عَادٍ فَلَا إِثْمَ عَلَيْهِ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿١٧٣﴾
إِنَّ الَّذِينَ يَكْتُمُونَ مَا أَنْزَلَ اللَّهُ مِنَ الْكِتَابِ وَ
يَشْتَرُونَ بِهِ ثَمَنًا قَلِيلًا أُولَٰئِكَ مَا يَأْكُلُونَ فِي بُطُونِهِمْ
إِلَّا النَّارَ وَلَا يُكَلِّمُهُمُ اللَّهُ يَوْمَ الْقِيَامَةِ وَلَا يُزَكِّيهِمْ
وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٧٤﴾
أُولَٰئِكَ الَّذِينَ اشْتَرَوُا الضَّلَالَةَ بِالْهُدَىٰ وَالْعَذَابَ
بِالْمَغْفِرَةِ فَمَا أَصْبَرَهُمْ عَلَى النَّارِ ﴿١٧٥﴾
ذَٰلِكَ بِأَنَّ اللَّهَ نَزَّلَ الْكِتَابَ بِالْحَقِّ وَإِنَّ الَّذِينَ اخْتَلَفُوا
فِي الْكِتَابِ لَفِي شِقَاقٍ بَعِيدٍ ﴿١٧٦﴾ ع
لَيْسَ الْبِرَّ أَنْ تُوَلُّوا وُجُوهَكُمْ قِبَلَ الْمَشْرِقِ وَ
الْمَغْرِبِ وَلَٰكِنَّ الْبِرَّ مَنْ آمَنَ بِاللَّهِ وَالْيَوْمِ الْآخِرِ
وَالْمَلَائِكَةِ وَالْكِتَابِ وَالنَّبِيِّينَ وَآتَى الْمَالَ عَلَىٰ
حُبِّهِ ذَوِي الْقُرْبَىٰ وَالْيَتَامَىٰ وَالْمَسَاكِينَ وَابْنَ السَّبِيلِ
وَالسَّائِلِينَ وَفِي الرِّقَابِ وَأَقَامَ الصَّلَاةَ وَآتَى
الزَّكَاةَ وَالْمُوفُونَ بِعَهْدِهِمْ إِذَا عَاهَدُوا وَالصَّابِرِينَ
فِي الْبَأْسَاءِ وَالضَّرَّاءِ وَحِينَ الْبَأْسِ أُولَٰئِكَ الَّذِينَ
صَدَقُوا وَأُولَٰئِكَ هُمُ الْمُتَّقُونَ ﴿١٧٧﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا كُتِبَ عَلَيْكُمُ الْقِصَاصُ فِي الْقَتْلَى
الْحُرُّ بِالْحُرِّ وَالْعَبْدُ بِالْعَبْدِ وَالْأُنْثَىٰ بِالْأُنْثَىٰ فَمَنْ
عُفِيَ لَهُ مِنْ أَخِيهِ شَيْءٌ فَاتِّبَاعٌ بِالْمَعْرُوفِ وَأَدَاءٌ

180. En la leĝo de la repago estas vivo por vi prudentuloj, por ke vi evitu la malbonon.

181. Al vi estas ordonite, kiam alproksimiĝas por iu el vi la morto – se li postlasas havaĵojn – testamenti por la gepatroj kaj por la parencoj laŭ justeco; tio estas devo por la justuloj.

182. Sur tiuj, kiuj poste ŝanĝos, kion ili aŭdis, restos la kulpo. Vere Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

183. Kiu tamen timos de la testamentanto partiecon aŭ maljustecon kaj pro tio sin intermetos pacigante, tiu ne pekos; vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

إِلَيْهِ بِإِحْسَانٍ ۗ ذَٰلِكَ تَخْفِيفٌ مِّن رَّبِّكُمْ وَرَحْمَةٌ
فَمَنِ اعْتَدَىٰ بَعْدَ ذَٰلِكَ فَلَهُ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٧٩﴾
وَلَكُمْ فِي الْقِصَاصِ حَيَاةٌ يَا أُولِي الْأَلْبَابِ لَعَلَّكُمْ
تَتَّقُونَ ﴿١٨٠﴾
كُتِبَ عَلَيْكُمْ إِذَا حَضَرَ أَحَدَكُمُ الْمَوْتُ إِن تَرَكَ
خَيْرًا الْوَصِيَّةُ لِلْوَالِدَيْنِ وَالْأَقْرَبِينَ بِالْمَعْرُوفِ ۖ
حَقًّا عَلَى الْمُتَّقِينَ ﴿١٨١﴾
فَمَن بَدَّلَهُ بَعْدَمَا سَمِعَهُ فَإِنَّمَا إِثْمُهُ عَلَى الَّذِينَ
يُبَدِّلُونَهُ ۚ إِنَّ اللَّهَ سَمِيعٌ عَلِيمٌ ﴿١٨٢﴾
فَمَنْ خَافَ مِن مُّوصٍ جَنَفًا أَوْ إِثْمًا فَأَصْلَحَ بَيْنَهُمْ
ع ٢٢ فَلَا إِثْمَ عَلَيْهِ ۚ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿١٨٣﴾

184. Ho vi kredantoj! Al vi estas ordonite fasti, kiel estis ordonite al tiuj, kiuj estis antaŭ vi, por ke vi evitu la malbonon.

185. Tio validas por fiksita nombro da tagoj; sed kiu el vi estas malsana aŭ en vojaĝo, tiu fastu poste por la sama nombro da tagoj; kaj por tiuj, kiuj ne kapablas fari tion krom per grava ofero, estos eble alie plenumi ilian devon, nome nutri malriĉulon. Kaj por tiu, kiu faros bonon, pli ol estas devo, des pli bone estos por li; kaj fasti estas bone por vi, se nur vi komprenas tion.

186. Estas la monato Ramadān, en kiu estis sendita al vi la Korano kiel gvidilo por la homaro kaj kiel evidenta signo kaj ekkonigilo. Kiu el vi estos hejme en tiu monato, tiu fastu. Kiu tamen estos malsana aŭ en vojaĝo, tiu fastu poste por la sama nombro da tagoj. Allah volas faciligi kaj ne malfaciligi vian taskon, kaj Li volas, ke vi plenumu la nombron da tagoj kaj laŭdegu Allahon, ĉar Li gvidis vin, kaj ke vi estu dankaj.

يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا كُتِبَ عَلَيْكُمُ الصِّيَامُ كَمَا كُتِبَ
عَلَى الَّذِينَ مِن قَبْلِكُمْ لَعَلَّكُمْ تَتَّقُونَ ﴿١٨٤﴾
أَيَّامًا مَّعْدُودَاتٍ ۚ فَمَن كَانَ مِنكُم مَّرِيضًا أَوْ عَلَىٰ
سَفَرٍ فَعِدَّةٌ مِّنْ أَيَّامٍ أُخَرَ ۚ وَعَلَى الَّذِينَ يُطِيقُونَهُ
فِدْيَةٌ طَعَامُ مِسْكِينٍ ۖ فَمَن تَطَوَّعَ خَيْرًا فَهُوَ خَيْرٌ
لَّهُ ۚ وَأَن تَصُومُوا خَيْرٌ لَّكُمْ ۖ إِن كُنتُمْ تَعْلَمُونَ ﴿١٨٥﴾

187. Kiam Miaj servantoj demandos vin pri Mi: vere Mi estas proksima, Mi ĉiam respondas al la preĝo de preĝanto, kiam li petas,do aŭskultu Min kaj kredu je Mi, por ke vi sekvu la ĝustan vojon.

188. Estas permesite al vi unuiĝi kun viaj edzinoj dum la nokto de la fasto. Ili estas vesto por vi kaj vi estas vesto por ili. Allah scias, ke vi estis agintaj maljuste kontraŭ vi mem, kaj Li turnis Sin kompateme al vi kaj konsentis al vi faciligon. Tiel nun unuiĝu kun ili kaj serĉu tion, kion ordonis al vi Allah, kaj manĝu kaj trinku, ĝis vi kapablos distingi la blankan fadenon disde la nigra fadeno je la tagiĝo. Poste plenumu la faston ĝis la nokto, kaj ne unuiĝu kun ili, kiam vi restas en la moskeoj*. Tiuj estas la baroj de Allah, kaj vi ne eĉ alproksimiĝu al ili. Tiel Allah manifestas Siajn signojn por la homoj, por ke ili forbaru la malbonon.

189. Ne formanĝu unu de la alia la havaĵojn kaj ne proponu ilin kiel subaĉeton al la aŭtoritatuloj, por formanĝi maljuste parton de la propraĵoj de aliaj.

190. Ili demandas vin pri la novaj lunoj. Diru: "Ili estas mezurilo de la tempo por la homoj kaj por la pilgrimo". Ne estas virto eniri la domojn de malantaŭe**, sed vere estas virto respektegi Allahon. Do eniru la domojn tra iliaj pordoj, kaj respektegu Allahon, por ke vi estu sukcesaj,

شَهْرُ رَمَضَانَ الَّذِيْٓ اُنْزِلَ فِيْهِ الْقُرْاٰنُ هُدًى
لِّلنَّاسِ وَبَيِّنٰتٍ مِّنَ الْهُدٰى وَالْفُرْقَانِ ۚ فَمَنْ شَهِدَ
مِنْكُمُ الشَّهْرَ فَلْيَصُمْهُ ۗ وَمَنْ كَانَ مَرِيْضًا اَوْ عَلٰى
سَفَرٍ فَعِدَّةٌ مِّنْ اَيَّامٍ اُخَرَ ۗ يُرِيْدُ اللّٰهُ بِكُمُ
الْيُسْرَ وَلَا يُرِيْدُ بِكُمُ الْعُسْرَ ۫ وَلِتُكْمِلُوا الْعِدَّةَ
وَلِتُكَبِّرُوا اللّٰهَ عَلٰى مَا هَدٰىكُمْ وَلَعَلَّكُمْ تَشْكُرُوْنَ ﴿١٨٦﴾
وَاِذَا سَاَلَكَ عِبَادِيْ عَنِّيْ فَاِنِّيْ قَرِيْبٌ ۗ اُجِيْبُ دَعْوَةَ
الدَّاعِ اِذَا دَعَانِ ۙ فَلْيَسْتَجِيْبُوْا لِيْ وَلْيُؤْمِنُوْا بِيْ لَعَلَّهُمْ
يَرْشُدُوْنَ ﴿١٨٧﴾
اُحِلَّ لَكُمْ لَيْلَةَ الصِّيَامِ الرَّفَثُ اِلٰى نِسَآئِكُمْ ۗ هُنَّ
لِبَاسٌ لَّكُمْ وَاَنْتُمْ لِبَاسٌ لَّهُنَّ ۗ عَلِمَ اللّٰهُ اَنَّكُمْ
كُنْتُمْ تَخْتَانُوْنَ اَنْفُسَكُمْ فَتَابَ عَلَيْكُمْ وَعَفَا
عَنْكُمْ ۚ فَالْـٰٔنَ بَاشِرُوْهُنَّ وَابْتَغُوْا مَا كَتَبَ اللّٰهُ لَكُمْ ۪
وَكُلُوْا وَاشْرَبُوْا حَتّٰى يَتَبَيَّنَ لَكُمُ الْخَيْطُ الْاَبْيَضُ
مِنَ الْخَيْطِ الْاَسْوَدِ مِنَ الْفَجْرِ ۪ ثُمَّ اَتِمُّوا الصِّيَامَ
اِلَى الَّيْلِ ۚ وَلَا تُبَاشِرُوْهُنَّ وَاَنْتُمْ عٰكِفُوْنَ ۙ فِي الْمَسٰجِدِ ۗ
تِلْكَ حُدُوْدُ اللّٰهِ فَلَا تَقْرَبُوْهَا ۗ كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ اللّٰهُ
اٰيٰتِهٖ لِلنَّاسِ لَعَلَّهُمْ يَتَّقُوْنَ ﴿١٨٨﴾
وَلَا تَاْكُلُوْٓا اَمْوَالَكُمْ بَيْنَكُمْ بِالْبَاطِلِ وَتُدْلُوْا بِهَآ
اِلَى الْحُكَّامِ لِتَاْكُلُوْا فَرِيْقًا مِّنْ اَمْوَالِ النَّاسِ بِالْاِثْمِ
وَاَنْتُمْ تَعْلَمُوْنَ ﴿١٨٩﴾ ع ٢٣

* t.e.: en la lastaj dek tagoj de la tempo de fasto, kiam la preĝado kaj la meditado intensiviĝas.

** Aludo al superstiĉa kutimo de la tiamaj Araboj

191. kaj batalu por la afero de Allah kontraŭ tiuj, kiuj batalas kontraŭ vi, sed neniam ekscesu. Vere Allah ne amas la ekscesantojn.

192. Mortigu ilin, kie ajn vi ilin trovos, kaj forpelu ilin de ĉie, de kie ili vin forpelis, ĉar la persekuto estas pli malbona ol la mortigo. Tamen ne batalu kontraŭ ili apud la Sankta Moskeo, ĝis ili ne batalos kontraŭ vi apud ĝi. Tamen, se ili atakos vin, mortigu ilin. Tio estu la repago por la miskredantoj.

193. Se ili tamen forlasos, vere Allah estas kompatema, pardonema.

194. Batalu kontraŭ ili, ĝis estos libera la religio de Allah. Se ili tamen forlasos, tiam ne estos permesite al vi agi malamike krom kontraŭ la malbonfarantoj.

195. Sanktan monaton pro sankta monato; estu repago por sanktaĵoj; kaj tiujn, kiuj vin ofendis, vi repagu en la sama kvanto. kiel ili vin ofendis. Respektegu Allahon kaj sciu, ke Allah estas kun la justuloj.

196. Donu almozojn por la afero de Allah kaj ne ĵetu vin mem en pereon per viaj propraj manoj, kaj agu bone; vere Allah amas la bonfarantojn.

يَسْـَٔلُونَكَ عَنِ الْأَهِلَّةِ ۖ قُلْ هِيَ مَوَاقِيتُ لِلنَّاسِ
وَالْحَجِّ ۗ وَلَيْسَ الْبِرُّ بِأَنْ تَأْتُوا الْبُيُوتَ مِنْ ظُهُورِهَا
وَلَٰكِنَّ الْبِرَّ مَنِ اتَّقَىٰ ۗ وَأْتُوا الْبُيُوتَ مِنْ أَبْوَابِهَا ۚ
وَاتَّقُوا اللَّهَ لَعَلَّكُمْ تُفْلِحُونَ ﴿١٨٩﴾
وَقَاتِلُوا فِي سَبِيلِ اللَّهِ الَّذِينَ يُقَاتِلُونَكُمْ وَلَا
تَعْتَدُوا ۚ إِنَّ اللَّهَ لَا يُحِبُّ الْمُعْتَدِينَ ﴿١٩٠﴾
وَاقْتُلُوهُمْ حَيْثُ ثَقِفْتُمُوهُمْ وَأَخْرِجُوهُمْ مِنْ
حَيْثُ أَخْرَجُوكُمْ ۚ وَالْفِتْنَةُ أَشَدُّ مِنَ الْقَتْلِ ۚ وَ
لَا تُقَاتِلُوهُمْ عِنْدَ الْمَسْجِدِ الْحَرَامِ حَتَّىٰ يُقَاتِلُوكُمْ
فِيهِ ۖ فَإِنْ قَاتَلُوكُمْ فَاقْتُلُوهُمْ ۗ كَذَٰلِكَ جَزَاءُ الْكَافِرِينَ ﴿١٩١﴾
فَإِنِ انْتَهَوْا فَإِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿١٩٢﴾
وَقَاتِلُوهُمْ حَتَّىٰ لَا تَكُونَ فِتْنَةٌ وَيَكُونَ الدِّينُ لِلَّهِ ۖ
فَإِنِ انْتَهَوْا فَلَا عُدْوَانَ إِلَّا عَلَى الظَّالِمِينَ ﴿١٩٣﴾
الشَّهْرُ الْحَرَامُ بِالشَّهْرِ الْحَرَامِ وَالْحُرُمَاتُ قِصَاصٌ ۚ
فَمَنِ اعْتَدَىٰ عَلَيْكُمْ فَاعْتَدُوا عَلَيْهِ بِمِثْلِ مَا اعْتَدَىٰ
عَلَيْكُمْ ۚ وَاتَّقُوا اللَّهَ وَاعْلَمُوا أَنَّ اللَّهَ مَعَ الْمُتَّقِينَ ﴿١٩٤﴾
وَأَنْفِقُوا فِي سَبِيلِ اللَّهِ وَلَا تُلْقُوا بِأَيْدِيكُمْ إِلَى التَّهْلُكَةِ ۛ
وَأَحْسِنُوا ۛ إِنَّ اللَّهَ يُحِبُّ الْمُحْسِنِينَ ﴿١٩٥﴾

197. Plenumu la pilgrimon kaj la Umra-on* pro amo al Allah, sed, se tio neeblas, tiam oferu tion, kio estas pli facila; kaj ne razu viajn kapojn, antaŭ ol la ofero estos atinginta sian destinon. Kiuj el vi estas malsanaj aŭ havas iun malsanon en sia kapo, tiuj elpagu per fasto aŭ almozoj aŭ ofero. Kaj kiam vi estas sekuraj, kiuj el vi volas plenumi la Umra-on kune kun la pilgrimo, tiuj proponu oferon tre facilan. Kiuj tamen nenion kapablas plenumi, tiuj fastu dum la pilgrimo tri tagojn kaj sep post via reveno, nome entute dek tagojn. Tio validas por tiuj, kies familio ne loĝas apud la Sankta Moskeo. Respektegu Allahon kaj sciu, ke Allah estas severa je la puno.

198. La monatoj por la pilgrimo estas konataj; do kiu decidis plenumi tiam la pilgrimon, ne ekposedu virinon kaj ne peku kaj ne estigu malpacon dum la pilgrimo. Allah scias, kion ajn bonan vi faras. Pretigu provizaĵojn, sed la plej bona provizaĵo estu la justeco. Respektegu nur Allahon, ho vi prudentuloj!

199. Ne estas peko por vi serĉi la gracon de via Sinjoro, kaj, kiam vi revenos de Arafât, vi memoru Allahon en Maŝ'ar-al-Harâm** kaj memoru, kiel Li gvidis vin, kvankam vi antaŭe estis erarantaj.

200. Poste revenu de tie, de kie la gentoj revenas, kaj serĉu pardonon ĉe Allah; vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

201. Kiam vi estos plenumintaj la ritojn de la adorado, memoru Allahon kiel faris viaj prapatroj kaj eĉ pli intense. Inter la homoj estas iuj, kiuj diras: "Nia Sinjoro, donu al ni en ĉi tiu vivo la bonajn aĵojn". Neniu el ili tamen partoprenos en la vivo venonta.

وَأَتِمُّوا الْحَجَّ وَالْعُمْرَةَ لِلَّهِ ۚ فَإِنْ أُحْصِرْتُمْ فَمَا اسْتَيْسَرَ
مِنَ الْهَدْيِ ۖ وَلَا تَحْلِقُوا رُءُوسَكُمْ حَتَّىٰ يَبْلُغَ الْهَدْيُ
مَحِلَّهُ ۚ فَمَن كَانَ مِنكُم مَّرِيضًا أَوْ بِهِ أَذًى مِّن رَّأْسِهِ
فَفِدْيَةٌ مِّن صِيَامٍ أَوْ صَدَقَةٍ أَوْ نُسُكٍ ۚ فَإِذَا أَمِنتُمْ
فَمَن تَمَتَّعَ بِالْعُمْرَةِ إِلَى الْحَجِّ فَمَا اسْتَيْسَرَ مِنَ
الْهَدْيِ ۚ فَمَن لَّمْ يَجِدْ فَصِيَامُ ثَلَاثَةِ أَيَّامٍ فِي الْحَجِّ
وَسَبْعَةٍ إِذَا رَجَعْتُمْ ۗ تِلْكَ عَشَرَةٌ كَامِلَةٌ ۗ ذَٰلِكَ لِمَن
لَّمْ يَكُنْ أَهْلُهُ حَاضِرِي الْمَسْجِدِ الْحَرَامِ ۚ وَاتَّقُوا اللَّهَ
وَاعْلَمُوا أَنَّ اللَّهَ شَدِيدُ الْعِقَابِ ﴿١٩٦﴾
الْحَجُّ أَشْهُرٌ مَّعْلُومَاتٌ ۚ فَمَن فَرَضَ فِيهِنَّ الْحَجَّ
فَلَا رَفَثَ وَلَا فُسُوقَ وَلَا جِدَالَ فِي الْحَجِّ ۗ وَمَا
تَفْعَلُوا مِنْ خَيْرٍ يَعْلَمْهُ اللَّهُ ۗ وَتَزَوَّدُوا فَإِنَّ خَيْرَ
الزَّادِ التَّقْوَىٰ ۚ وَاتَّقُونِ يَا أُولِي الْأَلْبَابِ ﴿١٩٧﴾
لَيْسَ عَلَيْكُمْ جُنَاحٌ أَن تَبْتَغُوا فَضْلًا مِّن رَّبِّكُمْ ۚ
فَإِذَا أَفَضْتُم مِّنْ عَرَفَاتٍ فَاذْكُرُوا اللَّهَ عِندَ الْمَشْعَرِ
الْحَرَامِ ۖ وَاذْكُرُوهُ كَمَا هَدَاكُمْ وَإِن كُنتُم مِّن
قَبْلِهِ لَمِنَ الضَّالِّينَ ﴿١٩٨﴾
ثُمَّ أَفِيضُوا مِنْ حَيْثُ أَفَاضَ النَّاسُ وَاسْتَغْفِرُوا
اللَّهَ ۚ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿١٩٩﴾
فَإِذَا قَضَيْتُم مَّنَاسِكَكُمْ فَاذْكُرُوا اللَّهَ كَذِكْرِكُمْ
آبَاءَكُمْ أَوْ أَشَدَّ ذِكْرًا ۗ فَمِنَ النَّاسِ مَن يَقُولُ
رَبَّنَا آتِنَا فِي الدُّنْيَا وَمَا لَهُ فِي الْآخِرَةِ مِنْ خَلَاقٍ ﴿٢٠٠﴾

---

* Umra = "malgranda pilgrimo", kiu, male de la "granda pilgrimo" (Haĝĝ), povas esti plenumata ne nur je fiksita tempo, sed kiam oni volas.

** valo, resp. monteto apud Mekko

202. Aliaj inter ili diras: ”Nia Sinjoro, donu al ni bonajn aĵojn en ĉi tiu vivo kaj en la vivo venonta kaj ŝirmu nin kontraŭ la puno de l' fajro! ”

203. Por ili estos ilia parto de propraĵoj laŭ ilia merito. Allah estas rapida je l' juĝo.

204. Memoru Allahon dum la difinita nombro da tagoj; kiu tamen rapidos kaj post du tagoj foriros, tiu ne pekos; ankaŭ tiu, kiu pli longe restos, ne pekos. Tio estas por la justuloj. Respektegu Allahon kaj sciu, ke vi estos kunvenigitaj al Li.

205. Inter la homoj estas iu, kies parolado pri ĉi tiu vivo eble plaĉus al vi kaj li vokas Allahon kiel atestanton pri tio, kio estas en lia koro. Li tamen estas la plej malpacema el la malpacemuloj.

206. Kian. li estas estro, li klopodas estigi malpacon en la lando kaj neniigi la rikolton kaj la idaron; tamen Allah ne amas la malpacon.

207. Kiam estas dirite al li: ”Respektegu Allahon”, lia fiereco puŝas lin al plua pekado. Pro tio la Infero estos lia sorto; malbona estas tiu destino!

208. Inter la homoj estas iuj, kiuj eĉ vendus sin mem pro la dezirego plaĉi al Allah; Allah estas kompatema kontraŭ Siaj servantoj.

209. Ho vi kredantoj, eniru en la submetiĝon tute kaj ne sekvu la piedsignojn de Satano. Vere li estas evidenta malamiko.

210. Se vi tamen poste stumblos, post kiam vi estos ricevintaj la signojn evidentajn, tiam sciu, ke Allah estas ĉiopova, saĝa.

211. Ĉu ili atendas ion alian, ol ke Allah venu al ili en la ombro de la nuboj kun la anĝeloj kaj decidu pri la afero? Al Allah revenas ĉio.

وَمِنْهُمْ مَّنْ يَّقُوْلُ رَبَّنَآ اٰتِنَا فِي الدُّنْيَا حَسَنَةً وَّ
فِي الْاٰخِرَةِ حَسَنَةً وَّقِنَا عَذَابَ النَّارِ ﴿٢٠١﴾
اُولٰٓئِكَ لَهُمْ نَصِيْبٌ مِّمَّا كَسَبُوْا ؕ وَاللّٰهُ سَرِيْعُ الْحِسَابِ ﴿٢٠٢﴾
وَاذْكُرُوا اللّٰهَ فِيْٓ اَيَّامٍ مَّعْدُوْدٰتٍ ؕ فَمَنْ تَعَجَّلَ فِيْ
يَوْمَيْنِ فَلَآ اِثْمَ عَلَيْهِ ۚ وَمَنْ تَاَخَّرَ فَلَآ اِثْمَ عَلَيْهِ ۙ
لِمَنِ اتَّقٰى ؕ وَاتَّقُوا اللّٰهَ وَاعْلَمُوْٓا اَنَّكُمْ اِلَيْهِ تُحْشَرُوْنَ ﴿٢٠٣﴾
وَمِنَ النَّاسِ مَنْ يُّعْجِبُكَ قَوْلُهٗ فِي الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا
وَيُشْهِدُ اللّٰهَ عَلٰى مَا فِيْ قَلْبِهٖ ۙ وَهُوَ اَلَدُّ الْخِصَامِ ﴿٢٠٤﴾
وَاِذَا تَوَلّٰى سَعٰى فِي الْاَرْضِ لِيُفْسِدَ فِيْهَا وَيُهْلِكَ
الْحَرْثَ وَالنَّسْلَ ؕ وَاللّٰهُ لَا يُحِبُّ الْفَسَادَ ﴿٢٠٥﴾
وَاِذَا قِيْلَ لَهُ اتَّقِ اللّٰهَ اَخَذَتْهُ الْعِزَّةُ بِالْاِثْمِ فَحَسْبُهٗ
جَهَنَّمُ ؕ وَلَبِئْسَ الْمِهَادُ ﴿٢٠٦﴾
وَمِنَ النَّاسِ مَنْ يَّشْرِيْ نَفْسَهُ ابْتِغَآءَ مَرْضَاتِ اللّٰهِ ؕ
وَاللّٰهُ رَءُوْفٌۢ بِالْعِبَادِ ﴿٢٠٧﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوا ادْخُلُوْا فِي السِّلْمِ كَآفَّةً ۪ وَّلَا
تَتَّبِعُوْا خُطُوٰتِ الشَّيْطٰنِ ؕ اِنَّهٗ لَكُمْ عَدُوٌّ مُّبِيْنٌ ﴿٢٠٨﴾
فَاِنْ زَلَلْتُمْ مِّنْۢ بَعْدِ مَا جَآءَتْكُمُ الْبَيِّنٰتُ فَاعْلَمُوْٓا
اَنَّ اللّٰهَ عَزِيْزٌ حَكِيْمٌ ﴿٢٠٩﴾
هَلْ يَنْظُرُوْنَ اِلَّآ اَنْ يَّاْتِيَهُمُ اللّٰهُ فِيْ ظُلَلٍ مِّنَ
الْغَمَامِ وَالْمَلٰٓئِكَةُ وَقُضِيَ الْاَمْرُ ؕ وَاِلَى اللّٰهِ تُرْجَعُ
الْاُمُوْرُ ﴿٢١٠﴾ ع ٢٥ ع ٩
سَلْ بَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ كَمْ اٰتَيْنٰهُمْ مِّنْ اٰيَةٍۢ بَيِّنَةٍ ؕ

212. Demandu la idojn de Izrael, kiom da signoj evidentaj Ni donis al ili. Kontraŭ tiu, kiu ŝanĝas la donacon de Allah, post kiam ĝi venis al li, Allah estos severa je l' puno.

213. Bela fariĝis ĉi tiu vivo por la miskredantoj, kaj ili mokadas la kredantojn, sed la justuloj staros super ili en la tago de la reviviĝo. Allah donas sen limigo al tiuj, kiujn Li elektas.

214. La homaro estis unu socio; tiam Allah vekis profetojn kiel portantojn de la bona novaĵo kaj admonantojn, kaj Li sendis kun ili la Libron kun la vero por juĝi inter la homoj pri tio, pri kio ili malkonsentis. Kaj jen pri tio – pro reciproka envio – malkonsentis tiuj, kiuj estis ricevintaj ĝin, post kiam ĝi venis al ili. Tiam Allah gvidis per Sia ordono la kredantojn al la vero, por ke ili ne malkonsentu pri ĝi. Allah gvidas, kiun Li volas, sur la rektan vojon.

215. Ĉu vi pensas, ke vi eniros la Paradizon ne atinginte la kondiĉon de tiuj, kiuj venis antaŭe? Malriĉo kaj malfeliĉo trafis ilin kaj ili estis skuegataj, ĝis la sendito kaj la kredantoj kriis: "Kiam venos la helpo de Allah?". Vere la helpo de Allah estas proksima.

216. Ili vin demandas, kion ili donacu. Diru: "Kion ajn bonan vi donacas, estu por la gepatroj kaj por la parencoj kaj por la orfoj kaj por la malriĉuloj kaj por la vojirantoj, kaj, kion ajn bonan vi faras, Allah scias".

217. Estas ordonite al vi batali, eĉ se vi malŝatas tion. Efektive estas eble, ke vi malŝatos ion, kio estas plej bona por vi, kaj ankaŭ, ke al vi plaĉos io, kio estas malbona por vi. Allah scias, sed vi ne scias.

ومن يبدل نعمة الله من بعد ما جاءته فإن
الله شديد العقاب ﴿٢١٢﴾
زين للذين كفروا الحيوة الدنيا ويسخرون من
الذين امنوا والذين اتقوا فوقهم يوم القيمة
والله يرزق من يشاء بغير حساب ﴿٢١٣﴾
كان الناس أمة واحدة فبعث الله النبين
مبشرين ومنذرين وأنزل معهم الكتب بالحق
ليحكم بين الناس فيما اختلفوا فيه وما اختلف
فيه إلا الذين أوتوه من بعد ما جاءتهم البينت
بغيا بينهم فهدى الله الذين امنوا لما اختلفوا
فيه من الحق بإذنه والله يهدي من يشاء
إلى صراط مستقيم ﴿٢١٤﴾
أم حسبتم أن تدخلوا الجنة ولما يأتكم مثل
الذين خلوا من قبلكم مستهم البأساء والضراء
وزلزلوا حتى يقول الرسول والذين امنوا معه
متى نصر الله ألا إن نصر الله قريب ﴿٢١٥﴾
يسئلونك ماذا ينفقون قل ما أنفقتم من
خير فللولدين والأقربين واليتمى والمسكين
وابن السبيل وما تفعلوا من خير فإن الله به
عليم ﴿٢١٦﴾
كتب عليكم القتال وهو كره لكم وعسى أن
تكرهوا شيئا وهو خير لكم وعسى أن تحبوا

218. Ili demandas vin pri la batalo en la sankta monato. Diru: "Tiu batalo estas malbona, sed deflankigi de la afero de Allah kaj miskredi je Li kaj je la Sankta Moskeo kaj forpeli la gentojn for de ĝi, estas pli malbone antaŭ Allah kaj la persekuto estas pli malbona ol la mortigo. Ili ne ĉesos batali kontraŭ vi, antaŭ ol ili estos delogintaj vin for de via kredo, supoze ke ili sukcesos. Kiuj el vi estos delogitaj for de sia kredo kaj mortos kiel miskredantoj, ties agoj estos vanaj en ĉi tiu kaj en la venonta vivo, ili estos loĝantoj de l' fajro kaj tie ili restos ĉiam.

219. Vere tiuj, kiuj kredas kaj faris la Elmigron kaj batalas por la afero de Allah, esperas je la graco de Allah. Allah estas senkulpigema, pardonema.

220. Ili demandas vin pri la vino kaj pri la hazardludado. Diru: "En ambaŭ estas grava peko kaj ankaŭ ia utilo por la homoj, sed la peko estas pli grava ol la utilo". Kaj ili demandas vin, kiom ili elspezu (kiel almozon). Diru: "Tion, je kio vi povas seniĝi". Tiel Allah evidentigas por vi la signojn, por ke vi pripensu,

221. en la vivo ĉi tiea kaj en la venonta. Kaj ili demandas vin pri la orfoj. Diru: "Bonfari al ili estas plej bone. Kaj se vi havas rilatojn kun ili, tiam ili estu viaj fratoj. Allah distingas la malpacemulon disde la pacemulo. Se Allah ne volus, vi ne estus sukcesintaj. Vere Allah estas ĉiopova, saĝa.

222. Ne edziĝu al idolaninoj, antaŭ ol ili fariĝos kredantinoj. Eĉ kredanta sklavino estas pli bona ol idolanino, eĉ se tiu tre plaĉas al vi. Kaj ne edzinigu kredantinojn al idolanoj, antaŭ ol ili fariĝos kredantoj. Vere eĉ kredanta sklavo estas pli bona ol idolano, eĉ se tiu tre plaĉas al vi. Ili vokas al la fajro kaj male Allah vokas al la Paradizo kaj al la pardono laŭ Sia ordono, kaj Li evidentigas Siajn signojn por la homoj, por ke ili memoru.

---

شَيْئًا وَّهُوَ شَرٌّ لَّكُمْ ۗ وَاللّٰهُ يَعْلَمُ وَاَنْتُمْ لَا تَعْلَمُوْنَ ﴿٢١٧﴾ ع
يَسْـَٔلُوْنَكَ عَنِ الشَّهْرِ الْحَرَامِ قِتَالٍ فِيْهِ ۗ قُلْ قِتَالٌ
فِيْهِ كَبِيْرٌ ۗ وَصَدٌّ عَنْ سَبِيْلِ اللّٰهِ وَكُفْرٌۢ بِهٖ وَ
الْمَسْجِدِ الْحَرَامِ ۗ وَاِخْرَاجُ اَهْلِهٖ مِنْهُ اَكْبَرُ عِنْدَ
اللّٰهِ ۚ وَالْفِتْنَةُ اَكْبَرُ مِنَ الْقَتْلِ ۗ وَلَا يَزَالُوْنَ
يُقَاتِلُوْنَكُمْ حَتّٰى يَرُدُّوْكُمْ عَنْ دِيْنِكُمْ اِنِ اسْتَطَاعُوْا ۗ
وَمَنْ يَّرْتَدِدْ مِنْكُمْ عَنْ دِيْنِهٖ فَيَمُتْ وَهُوَ كَافِرٌ
فَاُولٰٓئِكَ حَبِطَتْ اَعْمَالُهُمْ فِى الدُّنْيَا وَالْاٰخِرَةِ ۚ وَاُولٰٓئِكَ
اَصْحٰبُ النَّارِ ۚ هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿٢١٨﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَالَّذِيْنَ هَاجَرُوْا وَجٰهَدُوْا فِىْ
سَبِيْلِ اللّٰهِ ۙ اُولٰٓئِكَ يَرْجُوْنَ رَحْمَتَ اللّٰهِ ۗ وَاللّٰهُ
غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿٢١٩﴾
يَسْـَٔلُوْنَكَ عَنِ الْخَمْرِ وَالْمَيْسِرِ ۗ قُلْ فِيْهِمَآ اِثْمٌ
كَبِيْرٌ وَّمَنَافِعُ لِلنَّاسِ ۡ وَاِثْمُهُمَآ اَكْبَرُ مِنْ نَّفْعِهِمَا ۗ وَ
يَسْـَٔلُوْنَكَ مَاذَا يُنْفِقُوْنَ ۗ قُلِ الْعَفْوَ ۗ كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ اللّٰهُ
لَكُمُ الْاٰيٰتِ لَعَلَّكُمْ تَتَفَكَّرُوْنَ ﴿٢٢٠﴾
فِى الدُّنْيَا وَالْاٰخِرَةِ ۗ وَيَسْـَٔلُوْنَكَ عَنِ الْيَتٰمٰى ۗ قُلْ اِصْلَاحٌ
لَّهُمْ خَيْرٌ ۗ وَاِنْ تُخَالِطُوْهُمْ فَاِخْوَانُكُمْ ۗ وَاللّٰهُ يَعْلَمُ
الْمُفْسِدَ مِنَ الْمُصْلِحِ ۗ وَلَوْ شَآءَ اللّٰهُ لَاَعْنَتَكُمْ ۗ اِنَّ اللّٰهَ
عَزِيْزٌ حَكِيْمٌ ﴿٢٢١﴾
وَلَا تَنْكِحُوا الْمُشْرِكٰتِ حَتّٰى يُؤْمِنَّ ۗ وَلَاَمَةٌ مُّؤْمِنَةٌ
خَيْرٌ مِّنْ مُّشْرِكَةٍ وَّلَوْ اَعْجَبَتْكُمْ ۚ وَلَا تُنْكِحُوا الْمُشْرِكِيْنَ

223. Ili demandas vin pri la menstruoj. Diru: "Tio estas domaĝa, do ne alproksimiĝu al la edzinoj dum la menstruo kaj ne unuiĝu kun ili, antaŭ ol ili estos puriĝintaj. Kiam ili estos puriĝintaj, tiam unuiĝu kun ili, per kie Allah ordonis al vi. Vere Allah amas tiujn, kiuj turnas sin al Li, kaj la purulojn.

224. Viaj edzinoj estas por vi kampo, do alproksimiĝu al via kampo, kiam vi deziras, sed antaŭe bonfaru por la utilo de viaj animoj kaj respektegu Allahon kaj sciu, ke vi renkontos Lin". Vi donu al la kredantoj la bonan novaĵon.

225. Ne faru Allahon objekto de viaj ĵuroj, ke vi estos virtaj kaj justaj kaj pacemaj ĉe la gentoj. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

226. Allah ne postulos pravigon de vi pro malatenteco je viaj ĵuroj, sed Li postulos pravigon pro tio, kion estos meritintaj viaj koroj. Allah estas senkulpigema, indulgema.

227. Por tiuj, kiuj ĵuras, ke ili eksedziĝos de siaj edzinoj, estu atendo maksimuma de kvar monatoj, kaj, se poste ili revenos, ili sciu, ke Allah estas senkulpigema, pardonema.

228. Se ili male firme decidis eksedziĝi, ili sciu, ke Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

229. La edzinoj en tiu kondiĉo devos atendi por si mem tri menstruojn, kaj ne estos permesite al ili kaŝi tion, kion Allah kreis en ilia utero, se ili kredas je Allah kaj al la vivo venonta. Kaj iliaj edzoj havas pli grandan rajton repreni ilin, kiam ili estas gravedaj, se ili deziras repaciĝon. Rajtoj estas reciprokaj kaj similaj laŭ justeco, tamen la viroj havas ian privilegion. Allah estas ĉiopova, saĝa.

---

حَتّٰى يُؤْمِنُوْا وَلَعَبْدٌ مُّؤْمِنٌ خَيْرٌ مِّنْ مُّشْرِكٍ وَّلَوْ
اَعْجَبَكُمْ اُولٰٓئِكَ يَدْعُوْنَ اِلَى النَّارِ وَاللّٰهُ يَدْعُوْٓا
اِلَى الْجَنَّةِ وَالْمَغْفِرَةِ بِاِذْنِهٖ وَيُبَيِّنُ اٰيٰتِهٖ لِلنَّاسِ
لَعَلَّهُمْ يَتَذَكَّرُوْنَ ﴿٢٢٢﴾ ع
وَيَسْـَٔلُوْنَكَ عَنِ الْمَحِيْضِ قُلْ هُوَ اَذًى فَاعْتَزِلُوا
النِّسَآءَ فِى الْمَحِيْضِ وَلَا تَقْرَبُوْهُنَّ حَتّٰى يَطْهُرْنَ
فَاِذَا تَطَهَّرْنَ فَاْتُوْهُنَّ مِنْ حَيْثُ اَمَرَكُمُ اللّٰهُ اِنَّ
اللّٰهَ يُحِبُّ التَّوَّابِيْنَ وَيُحِبُّ الْمُتَطَهِّرِيْنَ ﴿٢٢٣﴾
نِسَآؤُكُمْ حَرْثٌ لَّكُمْ فَاْتُوْا حَرْثَكُمْ اَنّٰى شِئْتُمْ وَ
قَدِّمُوْا لِاَنْفُسِكُمْ وَاتَّقُوا اللّٰهَ وَاعْلَمُوْٓا اَنَّكُمْ مُّلٰقُوْهُ
وَبَشِّرِ الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿٢٢٤﴾
وَلَا تَجْعَلُوا اللّٰهَ عُرْضَةً لِّاَيْمَانِكُمْ اَنْ تَبَرُّوْا وَتَتَّقُوْا
وَتُصْلِحُوْا بَيْنَ النَّاسِ وَاللّٰهُ سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ ﴿٢٢٥﴾
لَا يُؤَاخِذُكُمُ اللّٰهُ بِاللَّغْوِ فِيْٓ اَيْمَانِكُمْ وَلٰكِنْ يُّؤَاخِذُكُمْ
بِمَا كَسَبَتْ قُلُوْبُكُمْ وَاللّٰهُ غَفُوْرٌ حَلِيْمٌ ﴿٢٢٦﴾
لِلَّذِيْنَ يُؤْلُوْنَ مِنْ نِّسَآئِهِمْ تَرَبُّصُ اَرْبَعَةِ اَشْهُرٍ
فَاِنْ فَآءُوْ فَاِنَّ اللّٰهَ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿٢٢٧﴾
وَاِنْ عَزَمُوا الطَّلَاقَ فَاِنَّ اللّٰهَ سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ ﴿٢٢٨﴾
وَالْمُطَلَّقٰتُ يَتَرَبَّصْنَ بِاَنْفُسِهِنَّ ثَلٰثَةَ قُرُوْٓءٍ وَ
لَا يَحِلُّ لَهُنَّ اَنْ يَّكْتُمْنَ مَا خَلَقَ اللّٰهُ فِيْٓ اَرْحَامِهِنَّ
اِنْ كُنَّ يُؤْمِنَّ بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ الْاٰخِرِ وَبُعُوْلَتُهُنَّ اَحَقُّ
بِرَدِّهِنَّ فِيْ ذٰلِكَ اِنْ اَرَادُوْٓا اِصْلَاحًا وَلَهُنَّ مِثْلُ

230. Eksedziĝo povas esti deklarita dufoje; poste tamen, aŭ reprenu ilin konvene aŭ forsendu ilin konvene. Ne estas permesite al vi repreni ion el tio, kion vi donis al ili, krom se vi ambaŭ timas, ke vi ne kapablos respekti la barojn de Allah. Se vi tamen timas, ke ili ne kapablos respekti la barojn de Allah, tiam ne estos peko por ambaŭ, se ŝi donos ion kiel elpagon. Tiuj estas la baroj de Allah, do ne transpaŝu ilin. Tiuj, kiuj transpaŝas la barojn de Allah, estas malbonfarantoj.

231. Kiam li poste estos eksedziĝinta la trian fojon, ŝi ne estos permesita al li, antaŭ ol ŝi estos edziniĝinta al alia viro. Se ĉi tiu tamen denove estos eksedziniĝinta ŝin, tiam ne estos peko, se ili ambaŭ revenos unu al la alia, se ili estos certaj, ke ili kapablos respekti la barojn de Allah. Tiuj estas la baroj de Allah, kiujn Li klarigas al la sciantoj.

232. Kiam vi eksedziĝis kaj la virinoj alproksimiĝas al la fino de la tempo konsentita, aŭ reprenu ilin konvene aŭ forsendu ilin konvene, kaj ne reprenu ilin pekeme por ilia malutilo. Kiu tion faras, tiu pekos kontraŭ si mem. Kaj ne moku pri la dekretoj de Allah, kaj memoru la favorojn, kiujn Allah donis al vi, kaj kion Li sendis al vi el la Libro, kaj la saĝon, per kiu Li admonis vin, kaj respektegu Allahon kaj sciu, ke Allah scias ĉion.

233. Kiam vi eksedziĝis kaj la virinoj atingis la finon de la tempo konsentita, ne malhelpu ilin edziniĝi al alia viro, se ili ambaŭ konsentis pri tio konvene. Tiu estas admono por tiu el vi, kiu kredas je Allah kaj al la vivo venonta. Tio estas pli bona kaj konvena por vi. Allah scias, sed vi ne scias.

الَّذِي عَلَيْهِنَّ بِالْمَعْرُوفِ ۖ وَلِلرِّجَالِ عَلَيْهِنَّ دَرَجَةٌ
ع ٢٨ ١٢ وَاللَّهُ عَزِيزٌ حَكِيمٌ ﴿٢٢٩﴾
الطَّلَاقُ مَرَّتَانِ ۖ فَإِمْسَاكٌ بِمَعْرُوفٍ أَوْ تَسْرِيحٌ بِإِحْسَانٍ ۗ
وَلَا يَحِلُّ لَكُمْ أَنْ تَأْخُذُوا مِمَّا آتَيْتُمُوهُنَّ شَيْئًا إِلَّا
أَنْ يَخَافَا أَلَّا يُقِيمَا حُدُودَ اللَّهِ ۖ فَإِنْ خِفْتُمْ أَلَّا يُقِيمَا
حُدُودَ اللَّهِ فَلَا جُنَاحَ عَلَيْهِمَا فِيمَا افْتَدَتْ بِهِ ۗ تِلْكَ
حُدُودُ اللَّهِ فَلَا تَعْتَدُوهَا ۚ وَمَنْ يَتَعَدَّ حُدُودَ اللَّهِ
فَأُولَٰئِكَ هُمُ الظَّالِمُونَ ﴿٢٣٠﴾
فَإِنْ طَلَّقَهَا فَلَا تَحِلُّ لَهُ مِنْ بَعْدُ حَتَّىٰ تَنْكِحَ زَوْجًا
غَيْرَهُ ۗ فَإِنْ طَلَّقَهَا فَلَا جُنَاحَ عَلَيْهِمَا أَنْ يَتَرَاجَعَا
إِنْ ظَنَّا أَنْ يُقِيمَا حُدُودَ اللَّهِ ۗ وَتِلْكَ حُدُودُ اللَّهِ
يُبَيِّنُهَا لِقَوْمٍ يَعْلَمُونَ ﴿٢٣١﴾
وَإِذَا طَلَّقْتُمُ النِّسَاءَ فَبَلَغْنَ أَجَلَهُنَّ فَأَمْسِكُوهُنَّ
بِمَعْرُوفٍ أَوْ سَرِّحُوهُنَّ بِمَعْرُوفٍ ۚ وَلَا تُمْسِكُوهُنَّ
ضِرَارًا لِتَعْتَدُوا ۚ وَمَنْ يَفْعَلْ ذَٰلِكَ فَقَدْ ظَلَمَ نَفْسَهُ ۚ
وَلَا تَتَّخِذُوا آيَاتِ اللَّهِ هُزُوًا ۚ وَاذْكُرُوا نِعْمَتَ اللَّهِ عَلَيْكُمْ
وَمَا أَنْزَلَ عَلَيْكُمْ مِنَ الْكِتَابِ وَالْحِكْمَةِ يَعِظُكُمْ
ع ٢٩ ١٢ بِهِ ۚ وَاتَّقُوا اللَّهَ وَاعْلَمُوا أَنَّ اللَّهَ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمٌ ﴿٢٣٢﴾
وَإِذَا طَلَّقْتُمُ النِّسَاءَ فَبَلَغْنَ أَجَلَهُنَّ فَلَا تَعْضُلُوهُنَّ
أَنْ يَنْكِحْنَ أَزْوَاجَهُنَّ إِذَا تَرَاضَوْا بَيْنَهُمْ بِالْمَعْرُوفِ ۗ
ذَٰلِكَ يُوعَظُ بِهِ مَنْ كَانَ مِنْكُمْ يُؤْمِنُ بِاللَّهِ وَالْيَوْمِ
الْآخِرِ ۗ ذَٰلِكُمْ أَزْكَىٰ لَكُمْ وَأَطْهَرُ ۚ وَاللَّهُ يَعْلَمُ وَأَنْتُمْ

234. La patrinoj mamnutru siajn infanojn du jarojn – tio estas por tiu, kiu volas kompletigi la mamnutradon – kaj tiu, kies devo estas provizi, provizu manĝajojn kaj vestaĵojn laŭrajte. Neniu estu ŝarĝata super sia kapablo. Nek la patrino nek la patro estu devigataj suferi pro la infano kaj la samo validas por iliaj heredantoj. Se ili tamen decidos kune post konsilo kaj konsento ĉesigi la mamnutradon, tio ne estos peko por ambaŭ. Se vi tamen volas, ke suĉigistino mamnutru viajn infanojn, tio ne estos peko por vi, kondiĉe ke vi pagu tion, pri kio estis konsentite laŭrajte. Respektegu Allahon kaj sciu, ke Allah vidas, kion vi faras.

235. Por tiuj el vi, kiuj mortos postlasante edzinojn: la edzinoj atendu por si mem kvar monatojn kaj dek tagojn. Kiam ili estos atingintaj la finon de la atendo, tiam ne estos peko por ili io ajn, kion ili faros por si mem laŭrajte. Allah atente observas, kion vi faras.

236. Ne estos peko por vi proponeti pri geedziĝo al tiaj virinoj aŭ gardi tian intencon - Allah scias, ke vi pensas pri ili sed ne konkludu sekrete kontrakton kun ili, krom se vi diros justan vorton. Kaj ne decidu pri geedziĝo, antaŭ ol la tempo priskribita estos pasinta. Sciu, ke Allah scias ĉion, kio estas en viaj koroj, do evitu tion kaj sciu, ke Allah estas senkulpigema, pacienca.

237. Ne estos peko por vi eksedziĝi de virinoj, kiujn vi ne estos tuŝintaj kaj al kiuj vi ne estos promesintaj doton. Tamen provizu ilin: la riĉuloj laŭ siaj havaĵoj kaj la malriĉuloj laŭ siaj havaĵoj, donu konvenan provizaĵon. Tio estas devo por la justuloj.

لا تعلمون ﴿٢٣٢﴾
والوالدات يرضعن أولادهن حولين كاملين
لمن أراد أن يتم الرضاعة وعلى المولود له
رزقهن وكسوتهن بالمعروف لا تكلف نفس
إلا وسعها لا تضار والدة بولدها ولا مولود
له بولده وعلى الوارث مثل ذلك فإن أرادا
فصالا عن تراض منهما وتشاور فلا جناح عليهما
وإن أردتم أن تسترضعوا أولادكم فلا جناح
عليكم إذا سلمتم ما آتيتم بالمعروف واتقوا
الله واعلموا أن الله بما تعملون بصير ﴿٢٣٣﴾
والذين يتوفون منكم ويذرون أزواجا يتربصن
بأنفسهن أربعة أشهر وعشرا فإذا بلغن أجلهن
فلا جناح عليكم فيما فعلن في أنفسهن بالمعروف
والله بما تعملون خبير ﴿٢٣٤﴾
ولا جناح عليكم فيما عرضتم به من خطبة النساء
أو أكننتم في أنفسكم علم الله أنكم ستذكرونهن
ولكن لا تواعدوهن سرا إلا أن تقولوا قولا
معروفا ولا تعزموا عقدة النكاح حتى يبلغ
الكتاب أجله واعلموا أن الله يعلم ما في أنفسكم
فاحذروه واعلموا أن الله غفور حليم ﴿٢٣٥﴾ ع
لا جناح عليكم إن طلقتم النساء ما لم تمسوهن
أو تفرضوا لهن فريضة ومتعوهن على الموسع

238. Se vi eksedziĝos de virinoj, kiujn vi ne estas tuŝintaj sed al kiuj vi jam estas promesintaj doton, tiam vi donu la duonon de tio, kion vi estas promesintaj, krom se ŝi – aŭ tiu, en kies povo estas la kontrakto de geedziĝo – rezignos. Kaj via rezigno estos simila al pieco. Ne forgesu bonfari reciproke. Vere Allah vidas, kion vi faras.

239. Observu la preĝojn kaj la preĝon mezan kaj staru humile antaŭ Allah.

240. Kiam vi timos danĝeron, vi preĝu starante aŭ rajdante, sed, kiam vi estos sekuraj, tiam memoru Allahon, kiel Li instruis al vi, kion vi ne sciis.

241. Tiuj el vi, kiuj mortos postlasante edzinojn, provizu ilin por unu jaro, tiel ke ili ne devu eliri el la domo. Se ili tamen eliros propramove, tiam ne estos peko por vi io ajn, kion ili faros por si mem laŭrajte. Allah estas ĉiopova, saĝa.

242. Por la eksedzinigitaj virinoj estu provizite konvene. Tio estas devo por la justuloj.

243. Tiel Allah klarigas al vi Siajn dekretojn, por ke vi komprenu.

244. Ĉu vi ne vidis tiujn, kiuj fuĝis for de siaj domoj, milope, timante la morton? Al ili diris Allah: "Mortu! ", poste Li revivigis ilin. Vere Allah estas indulgema je Sia graco kontraŭ la homoj, sed la plej multaj el ili ne dankas.

245. Batalu por la afero de Allah kaj sciu, ke Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

قَدَرُهٗ وَعَلَى الْمُقْتِرِ قَدَرُهٗ ۚ مَتَاعًا بِالْمَعْرُوْفِ ۚ حَقًّا
عَلَى الْمُحْسِنِيْنَ ﴿٢٣٦﴾
وَاِنْ طَلَّقْتُمُوْهُنَّ مِنْ قَبْلِ اَنْ تَمَسُّوْهُنَّ وَقَدْ
فَرَضْتُمْ لَهُنَّ فَرِيْضَةً فَنِصْفُ مَا فَرَضْتُمْ اِلَّآ اَنْ
يَّعْفُوْنَ اَوْ يَعْفُوَا الَّذِيْ بِيَدِهٖ عُقْدَةُ النِّكَاحِ ۭ وَ
اَنْ تَعْفُوْٓا اَقْرَبُ لِلتَّقْوٰى ۭ وَلَا تَنْسَوُا الْفَضْلَ بَيْنَكُمْ ۭ
اِنَّ اللّٰهَ بِمَا تَعْمَلُوْنَ بَصِيْرٌ ﴿٢٣٧﴾
حٰفِظُوْا عَلَى الصَّلَوٰتِ وَالصَّلٰوةِ الْوُسْطٰى ۤ وَقُوْمُوْا
لِلّٰهِ قٰنِتِيْنَ ﴿٢٣٨﴾
فَاِنْ خِفْتُمْ فَرِجَالًا اَوْ رُكْبَانًا ۚ فَاِذَآ اَمِنْتُمْ فَاذْكُرُوا
اللّٰهَ كَمَا عَلَّمَكُمْ مَّا لَمْ تَكُوْنُوْا تَعْلَمُوْنَ ﴿٢٣٩﴾
وَالَّذِيْنَ يُتَوَفَّوْنَ مِنْكُمْ وَيَذَرُوْنَ اَزْوَاجًا ښ وَّصِيَّةً
لِّاَزْوَاجِهِمْ مَّتَاعًا اِلَى الْحَوْلِ غَيْرَ اِخْرَاجٍ ۚ فَاِنْ
خَرَجْنَ فَلَا جُنَاحَ عَلَيْكُمْ فِيْ مَا فَعَلْنَ فِيْٓ اَنْفُسِهِنَّ
مِنْ مَّعْرُوْفٍ ۭ وَاللّٰهُ عَزِيْزٌ حَكِيْمٌ ﴿٢٤٠﴾
وَلِلْمُطَلَّقٰتِ مَتَاعٌۢ بِالْمَعْرُوْفِ ۭ حَقًّا عَلَى الْمُتَّقِيْنَ ﴿٢٤١﴾
كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ اللّٰهُ لَكُمْ اٰيٰتِهٖ لَعَلَّكُمْ تَعْقِلُوْنَ ﴿٢٤٢﴾ ع
اَلَمْ تَرَ اِلَى الَّذِيْنَ خَرَجُوْا مِنْ دِيَارِهِمْ وَهُمْ اُلُوْفٌ
حَذَرَ الْمَوْتِ ۠ فَقَالَ لَهُمُ اللّٰهُ مُوْتُوْا ۣ ثُمَّ اَحْيَاهُمْ ۭ
اِنَّ اللّٰهَ لَذُوْ فَضْلٍ عَلَى النَّاسِ وَلٰكِنَّ اَكْثَرَ
النَّاسِ لَا يَشْكُرُوْنَ ﴿٢٤٣﴾
وَقَاتِلُوْا فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ وَاعْلَمُوْٓا اَنَّ اللّٰهَ سَمِيْعٌ
عَلِيْمٌ ﴿٢٤٤﴾

246. Kiu volas pruntedoni al Allah profite, por ke Li redonu multoblon? Allah malpliigas kaj pliigas kaj al Li vi revenos.

247. Ĉu vi ne vidis la estrojn de la idaro de Izrael post Moseo, kiam ili diris al unu el siaj profetoj: "Metu super ni reĝon por ke ni batalu por la afero de Allah" kaj li diris: "Ĉu ne estas kredeble, ke vi ne batalos, se al vi estas ordonite batali? ". Ili diris: "Kial ni ne batalus por la afero de Allah, se ni estas forpelitaj el niaj domoj kaj for de niaj infanoj? ". Tamen, kiam estis ordonite al ili batali, ili turnis sin for, krom malmultaj el ili. Allah konas la malbonfarantojn.

248. Ilia profeto diris al ili: "Vere Allah metis super vi Tālūton* kiel reĝon" kaj ili respondis: "Kiel li povas havi suverenecon super ni? Ni estas pli indaj reĝi, ol li estas, kaj li ne posedas abundajn propraĵojn! ". Li diris: "Vere Allah lin elektis super vi kaj pliigis lian scion kaj lian staturon". Allah donas Sian povon al tiu, al kiu Li volas. Allah estas indulgema, ĉioscia.

249. Ilia profeto diris al ili: "Vere la signo de lia suvereneco estas,ke al vi estos donita kesto, en kiu estas la paco por vi kaj heredaĵo de la idaro de Moseo kaj de Aaron. La anĝeloj portos ĝin. Vere en ĝi estas signo por vi, se vi estas kredantoj".

مَنْ ذَا الَّذِي يُقْرِضُ اللّٰهَ قَرْضًا حَسَنًا فَيُضٰعِفَهُ
لَهٗ اَضْعَافًا كَثِيرَةً ۚ وَاللّٰهُ يَقْبِضُ وَيَبْصُۜطُ وَ
اِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿٢٤٥﴾
اَلَمْ تَرَ اِلَى الْمَلَاِ مِنْ بَنِيٓ اِسْرَآءِيلَ مِنْ بَعْدِ
مُوسٰىٓ اِذْ قَالُوا لِنَبِيٍّ لَهُمُ ابْعَثْ لَنَا مَلِكًا نُقَاتِلْ
فِي سَبِيلِ اللّٰهِ ۖ قَالَ هَلْ عَسَيْتُمْ اِنْ كُتِبَ عَلَيْكُمُ
الْقِتَالُ اَلَّا تُقَاتِلُوا ۖ قَالُوا وَمَا لَنَآ اَلَّا نُقَاتِلَ فِي
سَبِيلِ اللّٰهِ وَقَدْ اُخْرِجْنَا مِنْ دِيَارِنَا وَاَبْنَآئِنَا ۖ
فَلَمَّا كُتِبَ عَلَيْهِمُ الْقِتَالُ تَوَلَّوْا اِلَّا قَلِيلًا مِنْهُمْ ۗ
وَاللّٰهُ عَلِيمٌ بِالظّٰلِمِينَ ﴿٢٤٦﴾
وَقَالَ لَهُمْ نَبِيُّهُمْ اِنَّ اللّٰهَ قَدْ بَعَثَ لَكُمْ طَالُوتَ
مَلِكًا ۚ قَالُوٓا اَنّٰى يَكُونُ لَهُ الْمُلْكُ عَلَيْنَا وَنَحْنُ
اَحَقُّ بِالْمُلْكِ مِنْهُ وَلَمْ يُؤْتَ سَعَةً مِنَ الْمَالِ ۚ
قَالَ اِنَّ اللّٰهَ اصْطَفٰهُ عَلَيْكُمْ وَزَادَهٗ بَسْطَةً فِي
الْعِلْمِ وَالْجِسْمِ ۖ وَاللّٰهُ يُؤْتِي مُلْكَهٗ مَنْ يَشَآءُ ۚ
وَاللّٰهُ وَاسِعٌ عَلِيمٌ ﴿٢٤٧﴾
وَقَالَ لَهُمْ نَبِيُّهُمْ اِنَّ اٰيَةَ مُلْكِهٖٓ اَنْ يَاْتِيَكُمُ
التَّابُوتُ فِيهِ سَكِينَةٌ مِنْ رَبِّكُمْ وَبَقِيَّةٌ مِمَّا
تَرَكَ اٰلُ مُوسٰى وَاٰلُ هٰرُونَ تَحْمِلُهُ الْمَلٰٓئِكَةُ ۚ اِنَّ
فِي ذٰلِكَ لَاٰيَةً لَكُمْ اِنْ كُنْتُمْ مُؤْمِنِينَ ﴿٢٤٨﴾ ع
فَلَمَّا فَصَلَ طَالُوتُ بِالْجُنُودِ قَالَ اِنَّ اللّٰهَ مُبْتَلِيكُمْ

* Gideon

250. Kaj kiam Tālūt eliris kun la trupoj, li diris: "Vere Allah vin elprovos ĉe rivero; kiu trinkos el ĝi ne estos inda je mi, kaj kiu ne gustumos el ĝi, estos inda je mi krom tiu, kiu prenos manplenon da ĝi". Ili tamen ĉiuj trinkis el ĝi, krom malmultaj el ili, kaj, kiam ili transiris ĝin, – li kune kun la kredantoj – ili diris: "Hodiaŭ ni ne havas forton kontraŭ Ĝālūt* kaj liaj trupoj". Tiuj tamen, kiuj certe sciis, ke ili iam renkontos Allahon, diris: "Ofte venkis malgranda grupo kontraŭ granda grupo laŭ la dekretoj de Allah". Allah estas kun la persistemuloj.

251. Kiam ili antaŭeniris kontraŭ Ĝālūton kaj liajn trupojn ili diris: "Ho nia Sinjoro, verŝu persistemon sur nin kaj firmigu niajn paŝojn kaj helpu nin kontraŭ la popolo miskredanta".

252. Ili venkis laŭ la permeso de Allah kaj David mortigis Ĝālūton kaj Allah donis al li la suverenecon kaj la saĝon kaj instruis al li, kion Li volis, kaj, se Allah ne estus moderiginta la homojn, iujn kontraŭ la aliaj, la tero estus pleniĝinta je malpaco. Allah tamen estas indulgema kontraŭ la homoj.

253. Tiuj estas la signoj de Allah. Ni proklamos ilin al vi laŭvere, kaj vi vere estas unu el la senditoj.

* Fino de la 2-a parto

بِنَهَرٍ فَمَنْ شَرِبَ مِنْهُ فَلَيْسَ مِنِّي وَمَنْ لَمْ
يَطْعَمْهُ فَإِنَّهُ مِنِّي إِلَّا مَنِ اغْتَرَفَ غُرْفَةً بِيَدِهِ
فَشَرِبُوا مِنْهُ إِلَّا قَلِيلًا مِنْهُمْ فَلَمَّا جَاوَزَهُ هُوَ
وَالَّذِينَ آمَنُوا مَعَهُ قَالُوا لَا طَاقَةَ لَنَا الْيَوْمَ
بِجَالُوتَ وَجُنُودِهِ قَالَ الَّذِينَ يَظُنُّونَ أَنَّهُمْ مُلَاقُو
اللَّهِ كَمْ مِنْ فِئَةٍ قَلِيلَةٍ غَلَبَتْ فِئَةً كَثِيرَةً بِإِذْنِ
اللَّهِ وَاللَّهُ مَعَ الصَّابِرِينَ ﴿٢٤٩﴾
وَلَمَّا بَرَزُوا لِجَالُوتَ وَجُنُودِهِ قَالُوا رَبَّنَا أَفْرِغْ
عَلَيْنَا صَبْرًا وَثَبِّتْ أَقْدَامَنَا وَانْصُرْنَا عَلَى الْقَوْمِ
الْكَافِرِينَ ﴿٢٥٠﴾
فَهَزَمُوهُمْ بِإِذْنِ اللَّهِ وَقَتَلَ دَاوُودُ جَالُوتَ وَ
آتَاهُ اللَّهُ الْمُلْكَ وَالْحِكْمَةَ وَعَلَّمَهُ مِمَّا يَشَاءُ وَ
لَوْلَا دَفْعُ اللَّهِ النَّاسَ بَعْضَهُمْ بِبَعْضٍ لَفَسَدَتِ
الْأَرْضُ وَلَٰكِنَّ اللَّهَ ذُو فَضْلٍ عَلَى الْعَالَمِينَ ﴿٢٥١﴾
تِلْكَ آيَاتُ اللَّهِ نَتْلُوهَا عَلَيْكَ بِالْحَقِّ وَإِنَّكَ لَمِنَ
الْمُرْسَلِينَ ﴿٢٥٢﴾

* Goljat

254. Tiujn senditojn Ni plialtigis, kelkajn el ili super aliaj, al iuj el ili Allah parolis kaj iujn Li plialtigis je l' rango. Kaj Ni donis al Jesuo, filo de Maria, signojn evidentajn kaj plifortigis lin per la spirito de sankteco. Kaj se Allah volus, tiuj, kiuj venis poste, ne estus disputintaj, post kiam al ili venis la pruvoj evidentaj. Ili tamen malkonsentis: inter ili estis iuj, kiuj kredis, kaj aliaj, kiuj rifuzis kredi. Kaj se Allah volus, ili ne estus disputintaj. Allah tamen faras tion, kion Li projektis.

تِلْكَ الرُّسُلُ فَضَّلْنَا بَعْضَهُمْ عَلَىٰ بَعْضٍ مِنْهُمْ
مَنْ كَلَّمَ اللّٰهُ وَرَفَعَ بَعْضَهُمْ دَرَجٰتٍ وَآتَيْنَا
عِيسَى ابْنَ مَرْيَمَ الْبَيِّنٰتِ وَأَيَّدْنٰهُ بِرُوحِ الْقُدُسِ
وَلَوْ شَاءَ اللّٰهُ مَا اقْتَتَلَ الَّذِينَ مِنْ بَعْدِهِمْ مِنْ
بَعْدِ مَا جَاءَتْهُمُ الْبَيِّنٰتُ وَلٰكِنِ اخْتَلَفُوا فَمِنْهُمْ مَنْ
آمَنَ وَمِنْهُمْ مَنْ كَفَرَ وَلَوْ شَاءَ اللّٰهُ مَا اقْتَتَلُوا
وَلٰكِنَّ اللّٰهَ يَفْعَلُ مَا يُرِيدُ ﴿٢٥٤﴾

255. Ho vi kredantoj! Donu tion, kion Ni donis al vi, antaŭ ol venos la tago, en kiu ne estos eble komerci kaj ne plu validos amikeco nek propeto; la miskredantoj estas malbonfarantoj.

يٰأَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا أَنْفِقُوا مِمَّا رَزَقْنٰكُمْ مِنْ قَبْلِ
أَنْ يَأْتِيَ يَوْمٌ لَا بَيْعٌ فِيهِ وَلَا خُلَّةٌ وَلَا شَفَاعَةٌ
وَالْكٰفِرُونَ هُمُ الظّٰلِمُونَ ﴿٢٥٥﴾

256. Allah! Ne ekzistas alia Dio ol Li, la Vivanta, la Sendependa kaj Ĉiosubtenanta; nek dormobezono nek dormo venkas Lin. Kio estas en la ĉielo kaj sur la tero, ĉio apartenas al Li. Kiu povas propeti ĉe Li sen Lia permeso? Li scias, kio estas antaŭ kaj malantaŭ la homoj, kaj ili nenion komprenas el Lia scio ol tion, kion Li volas. Lia regno enhavas la ĉielojn kaj la teron kaj la regado de ambaŭ ne lacigas Lin. Li estas la Eminenta, la Grandega.

اللّٰهُ لَا إِلٰهَ إِلَّا هُوَ الْحَيُّ الْقَيُّومُ لَا تَأْخُذُهُ سِنَةٌ
وَلَا نَوْمٌ لَهُ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ مَنْ
ذَا الَّذِي يَشْفَعُ عِنْدَهُ إِلَّا بِإِذْنِهِ يَعْلَمُ مَا بَيْنَ
أَيْدِيهِمْ وَمَا خَلْفَهُمْ وَلَا يُحِيطُونَ بِشَيْءٍ مِنْ
عِلْمِهِ إِلَّا بِمَا شَاءَ وَسِعَ كُرْسِيُّهُ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضَ
وَلَا يَؤُدُهُ حِفْظُهُمَا وَهُوَ الْعَلِيُّ الْعَظِيمُ ﴿٢٥٦﴾

257. Ne estu perforto je la religio; vere distingiĝas evidente la vero de la eraro. Kiu rifuzos la instruon de la delogistoj kaj kredos je Allah, tiu certe ekkaptos fortan tenilon, kies rompo neeblas. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

لَا إِكْرَاهَ فِي الدِّينِ قَدْ تَبَيَّنَ الرُّشْدُ مِنَ الْغَيِّ
فَمَنْ يَكْفُرْ بِالطّٰغُوتِ وَيُؤْمِنْ بِاللّٰهِ فَقَدِ
اسْتَمْسَكَ بِالْعُرْوَةِ الْوُثْقٰى لَا انْفِصَامَ لَهَا
وَاللّٰهُ سَمِيعٌ عَلِيمٌ ﴿٢٥٧﴾

258. Allah estas la protektanto de la kredantoj. Li gvidas ilin el la mallumo al la lumo; kontraŭe, amikoj de la miskredantoj estas la delogistoj, kiuj ilin logas for de la lumo al la mallumo. Ili estos loĝantoj de l' fajro; tie ili restos por ĉiam.

اَللّٰهُ وَلِيُّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا يُخْرِجُهُمْ مِّنَ الظُّلُمٰتِ اِلَى
النُّوْرِ ۬ وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اَوْلِيٰٓـُٔهُمُ الطَّاغُوْتُ
يُخْرِجُوْنَهُمْ مِّنَ النُّوْرِ اِلَى الظُّلُمٰتِ ؕ اُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ
النَّارِ ۚ هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿۲۵۷﴾

259. Ĉu vi ne vidis tiun*, kiu disputis kun Abraham pri lia Sinjoro, ĉar Allah donis al li la regnon? Kiam Abraham diris: "Estas la Sinjoro, kiu igas vivi kaj morti" li respondis: "Mi ja igas vivi kaj morti! ". Abraham diris: "Vere Allah alportas la sunon el la oriento, do portu vi ĝin el la okcidento! ". Tiam la miskredanto estis konfuzita. Allah ne gvidas la malbonfaranton.

اَلَمْ تَرَ اِلَى الَّذِيْ حَآجَّ اِبْرٰهٖمَ فِيْ رَبِّهٖٓ اَنْ اٰتٰىهُ
اللّٰهُ الْمُلْكَ ۘ اِذْ قَالَ اِبْرٰهٖمُ رَبِّيَ الَّذِيْ يُحْيٖ وَيُمِيْتُ ۙ
قَالَ اَنَا اُحْيٖ وَاُمِيْتُ ؕ قَالَ اِبْرٰهٖمُ فَاِنَّ اللّٰهَ يَاْتِيْ
بِالشَّمْسِ مِنَ الْمَشْرِقِ فَاْتِ بِهَا مِنَ الْمَغْرِبِ
فَبُهِتَ الَّذِيْ كَفَرَ ؕ وَاللّٰهُ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الظّٰلِمِيْنَ ﴿۲۵۸﴾

260. Aŭ kiel tiu**, kiu preterpasis urbon*** falintan sur siajn tegmentojn? Li diris: "Kiam Allah revivigos ĝin post ĝia detruo? ". Allah igis lin kuŝi mortinta cent jarojn, poste Li vekis lin kaj demandis lin: "Kiom da tempo vi restis ĉi tie? " kaj li diris: "Mi restis unu tagon aŭ eĉ nur parton de unu tago". Li diris: "Ne! Vi restis cent jarojn. Nun rigardu viajn manĝaĵojn kaj trinkaĵon, ili ne malboniĝis, sed rigardu vian azenon! Ni faris tion, por ke vi estu signo por la homoj. Kaj rigardu nun la ostojn de la azeno, kiel Ni ilin kunigas kaj kovras per karno! ". Kiam tio fariĝis evidenta por li, li diris: "Mi scias, ke Allah havas povon super ĉiuj aferoj! ".

اَوْ كَالَّذِيْ مَرَّ عَلٰى قَرْيَةٍ وَّهِيَ خَاوِيَةٌ عَلٰى
عُرُوْشِهَا ۚ قَالَ اَنّٰى يُحْيٖ هٰذِهِ اللّٰهُ بَعْدَ مَوْتِهَا ۚ
فَاَمَاتَهُ اللّٰهُ مِائَةَ عَامٍ ثُمَّ بَعَثَهٗ ؕ قَالَ كَمْ لَبِثْتَ ؕ
قَالَ لَبِثْتُ يَوْمًا اَوْ بَعْضَ يَوْمٍ ؕ قَالَ بَلْ لَّبِثْتَ
مِائَةَ عَامٍ فَانْظُرْ اِلٰى طَعَامِكَ وَشَرَابِكَ لَمْ يَتَسَنَّهْ ۚ
وَانْظُرْ اِلٰى حِمَارِكَ وَلِنَجْعَلَكَ اٰيَةً لِّلنَّاسِ وَانْظُرْ اِلَى
الْعِظَامِ كَيْفَ نُنْشِزُهَا ثُمَّ نَكْسُوْهَا لَحْمًا ؕ فَلَمَّا تَبَيَّنَ
لَهٗ ۙ قَالَ اَعْلَمُ اَنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿۲۵۹﴾

261. Memoru, kiam Abraham diris: "Sinjoro, montru al mi, kiel Vi revivigas la mortintojn" Li diris: "Ĉu vi ankoraŭ ne kredas? " kaj li respondis: "Jes, sed mi nur petas tion por trankviligi mian koron". Li diris tiam: "Do elektu kvar birdojn kaj logu ilin al vi, poste metu pecon el ĉiu el ili malkune sur po unu monteton, poste voku ilin kaj ili venos al vi fluge. Kaj sciu, ke Allah estas ĉiopova, saĝa".

وَاِذْ قَالَ اِبْرٰهٖمُ رَبِّ اَرِنِيْ كَيْفَ تُحْيِ الْمَوْتٰى ؕ قَالَ
اَوَلَمْ تُؤْمِنْ ؕ قَالَ بَلٰى وَلٰكِنْ لِّيَطْمَئِنَّ قَلْبِيْ ؕ قَالَ
فَخُذْ اَرْبَعَةً مِّنَ الطَّيْرِ فَصُرْهُنَّ اِلَيْكَ ثُمَّ اجْعَلْ
عَلٰى كُلِّ جَبَلٍ مِّنْهُنَّ جُزْءًا ثُمَّ ادْعُهُنَّ يَاْتِيْنَكَ
سَعْيًا ؕ وَاعْلَمْ اَنَّ اللّٰهَ عَزِيْزٌ حَكِيْمٌ ﴿۲۶۰﴾

* Nimrod
** Jeĥezkel
*** Jeruzalemo

262. Tiuj, kiuj donas el siaj propraĵoj por la afero de Allah, similas al grajno kiu estigas sep spikojn kaj en ĉiu el ili estas po cent grajnoj. Allah plimultigas, kion Li volas. Allah estas indulgema, ĉioscia.

263, Tiuj, kiuj donas el siaj propraĵoj por la afero de Allah kaj ne levas poste riproĉojn kaj ofendojn, ricevos la rekompencon de sia Sinjoro kaj por ili plu ne estos timo nek malgajeco.

264. Ĝentila parolo kaj pardono estas pli bonaj ol donaco, kiun sekvas ofendo. Allah estas memsufiĉa, pacienca.

265. Ho vi kredantoj, ne igu vanaj viajn donacojn per riproĉoj kaj ofendoj kiel iu, kiu disdonas siajn havaĵojn, por ke la homoj vidu, sed ne kredas je Allah kaj al la vivo venonta; tiu similas al glata ŝtonego kovrita per iom da tero: pluvego falanta sur ĝin lasas ĝin nuda. Tiaj homoj ne havos iun ajn avantaĝon pro sia merito. Allah ne gvidas la popolon miskredantan.

266. Tiuj, kiuj disdonas el siaj havaĵoj, deziregante plaĉi al Allah kaj plifortigante siajn animojn, similas al ĝardeno sur alta grundo: pluvego falanta sur ĝin estigas duoblan rikolton; se tamen ne falas pluvego, tiam venas la roso. Allah vidas, kion vi faras.

267. Ĉu iu el vi dezirus, ke estu por li ĝardeno plena je palmoj kaj vinberarboj, sub kiu fluas riveroj, enhavanta ĉiuspecajn fruktojn por li – kaj apenaŭ en ĝi la maljuneco atingu lin kiam li havos ankoraŭ malaĝajn idojn – kaj ke tiam falu sur ĝin uragano kaj ke la fajro detruu ĝin? Tiel Allah evidentigas por vi Siajn signojn, por ke vi pripensu.

مَثَلُ الَّذِينَ يُنفِقُونَ أَمْوَالَهُمْ فِي سَبِيلِ اللَّهِ كَمَثَلِ
حَبَّةٍ أَنبَتَتْ سَبْعَ سَنَابِلَ فِي كُلِّ سُنبُلَةٍ مِّائَةُ
حَبَّةٍ ۗ وَاللَّهُ يُضَاعِفُ لِمَن يَشَاءُ ۗ وَاللَّهُ وَاسِعٌ عَلِيمٌ ﴿٢٦١﴾
الَّذِينَ يُنفِقُونَ أَمْوَالَهُمْ فِي سَبِيلِ اللَّهِ ثُمَّ لَا
يُتْبِعُونَ مَا أَنفَقُوا مَنًّا وَلَا أَذًى ۙ لَّهُمْ أَجْرُهُمْ
عِندَ رَبِّهِمْ وَلَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ يَحْزَنُونَ ﴿٢٦٢﴾
قَوْلٌ مَّعْرُوفٌ وَمَغْفِرَةٌ خَيْرٌ مِّن صَدَقَةٍ يَتْبَعُهَا
أَذًى ۗ وَاللَّهُ غَنِيٌّ حَلِيمٌ ﴿٢٦٣﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا تُبْطِلُوا صَدَقَاتِكُم بِالْمَنِّ
وَالْأَذَىٰ كَالَّذِي يُنفِقُ مَالَهُ رِئَاءَ النَّاسِ وَلَا
يُؤْمِنُ بِاللَّهِ وَالْيَوْمِ الْآخِرِ ۖ فَمَثَلُهُ كَمَثَلِ صَفْوَانٍ
عَلَيْهِ تُرَابٌ فَأَصَابَهُ وَابِلٌ فَتَرَكَهُ صَلْدًا ۖ لَّا
يَقْدِرُونَ عَلَىٰ شَيْءٍ مِّمَّا كَسَبُوا ۗ وَاللَّهُ لَا يَهْدِي
الْقَوْمَ الْكَافِرِينَ ﴿٢٦٤﴾
وَمَثَلُ الَّذِينَ يُنفِقُونَ أَمْوَالَهُمُ ابْتِغَاءَ مَرْضَاتِ
اللَّهِ وَتَثْبِيتًا مِّنْ أَنفُسِهِمْ كَمَثَلِ جَنَّةٍ بِرَبْوَةٍ
أَصَابَهَا وَابِلٌ فَآتَتْ أُكُلَهَا ضِعْفَيْنِ فَإِن لَّمْ يُصِبْهَا
وَابِلٌ فَطَلٌّ ۗ وَاللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ﴿٢٦٥﴾
أَيَوَدُّ أَحَدُكُمْ أَن تَكُونَ لَهُ جَنَّةٌ مِّن نَّخِيلٍ وَأَعْنَابٍ
تَجْرِي مِن تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ لَهُ فِيهَا مِن كُلِّ الثَّمَرَاتِ
وَأَصَابَهُ الْكِبَرُ وَلَهُ ذُرِّيَّةٌ ضُعَفَاءُ فَأَصَابَهَا
إِعْصَارٌ فِيهِ نَارٌ فَاحْتَرَقَتْ ۗ كَذَٰلِكَ يُبَيِّنُ اللَّهُ لَكُمُ

268. Ho vi kredantoj, distribuu la bonajn aĵojn, kiujn vi gajnis kaj kiujn Ni eltiris por vi el la tero, kaj ne elektu el ili – por disdoni ilin – la malbonajn, kiujn vi ne prenus por vi mem krom fermante unu okulon! Sciu, ke Allah estas memsufiĉa, laŭdegenda.

269. Satano minacas vin per malriĉeco kaj ordonas al vi hontindaĵojn; Allah kontraŭe promesas al vi Sian pardonon kaj Siajn gracojn. Allah estas indulgema, ĉioscia.

270. Li donas la saĝon al tiu, al kiu Li volas, kaj, kiu ricevis la saĝon, tiu vere ricevis abundan riĉecon; tion tamen nur pripensas la prudentuloj.

271. Kion ajn vi disdonas aŭ kiun ajn promeson vi faras, Allah scias; por la malbonfarantoj ne estos helpantoj.

272. Se vi donos almozojn malkaŝe, estos bone; se vi tamen donos ilin kaŝe kaj al la malriĉuloj, tio estos pli bona por vi kaj Li forprenos de vi viajn kulpojn. Allah atente observas, kion vi faras.

273. Ne estas via devo gvidi ilin, sed Allah gvidas, kiun Li volas. Ĉio bona, kion vi disdonas, estas por vi mem. Disdonu nur por vidi Allahon! Ĉio bona, kion vi disdonas, estos redonita al vi kaj vi ne havos malavantaĝon.

274. Tiuj almozoj estos por la malriĉuloj, kiuj ne povas provizi por si mem, ĉar ili batalas por la afero de Allah kaj ne povas vojaĝi komercante en la lando. La nesciantoj kredas pro ilia sinteno, ke ili estas bonhavaj: ili ne petas insiste almozon de la homoj. Kion ajn bonan vi disdonas, vere Allah scias.

الْاٰيٰتِ لَعَلَّكُمْ تَتَفَكَّرُوْنَ ﴿٢٦٦﴾ ع
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا اَنْفِقُوْا مِنْ طَيِّبٰتِ مَا كَسَبْتُمْ
وَمِمَّآ اَخْرَجْنَا لَكُمْ مِّنَ الْاَرْضِ وَلَا تَيَمَّمُوا الْخَبِيْثَ
مِنْهُ تُنْفِقُوْنَ وَلَسْتُمْ بِاٰخِذِيْهِ اِلَّآ اَنْ تُغْمِضُوْا فِيْهِ
وَاعْلَمُوْٓا اَنَّ اللّٰهَ غَنِيٌّ حَمِيْدٌ ﴿٢٦٧﴾
اَلشَّيْطٰنُ يَعِدُكُمُ الْفَقْرَ وَيَاْمُرُكُمْ بِالْفَحْشَآءِ وَاللّٰهُ
يَعِدُكُمْ مَّغْفِرَةً مِّنْهُ وَفَضْلًا وَاللّٰهُ وَاسِعٌ عَلِيْمٌ ﴿٢٦٨﴾
يُّؤْتِي الْحِكْمَةَ مَنْ يَّشَآءُ وَمَنْ يُّؤْتَ الْحِكْمَةَ فَقَدْ
اُوْتِيَ خَيْرًا كَثِيْرًا وَمَا يَذَّكَّرُ اِلَّآ اُولُوا الْاَلْبَابِ ﴿٢٦٩﴾
وَمَآ اَنْفَقْتُمْ مِّنْ نَّفَقَةٍ اَوْ نَذَرْتُمْ مِّنْ نَّذْرٍ فَاِنَّ
اللّٰهَ يَعْلَمُهٗ وَمَا لِلظّٰلِمِيْنَ مِنْ اَنْصَارٍ ﴿٢٧٠﴾
اِنْ تُبْدُوا الصَّدَقٰتِ فَنِعِمَّا هِيَ وَاِنْ تُخْفُوْهَا وَ
تُؤْتُوْهَا الْفُقَرَآءَ فَهُوَ خَيْرٌ لَّكُمْ وَيُكَفِّرُ عَنْكُمْ مِّنْ
سَيِّاٰتِكُمْ وَاللّٰهُ بِمَا تَعْمَلُوْنَ خَبِيْرٌ ﴿٢٧١﴾
لَيْسَ عَلَيْكَ هُدٰىهُمْ وَلٰكِنَّ اللّٰهَ يَهْدِيْ مَنْ يَّشَآءُ
وَمَا تُنْفِقُوْا مِنْ خَيْرٍ فَلِاَنْفُسِكُمْ وَمَا تُنْفِقُوْنَ اِلَّا
ابْتِغَآءَ وَجْهِ اللّٰهِ وَمَا تُنْفِقُوْا مِنْ خَيْرٍ يُّوَفَّ اِلَيْكُمْ
وَاَنْتُمْ لَا تُظْلَمُوْنَ ﴿٢٧٢﴾
لِلْفُقَرَآءِ الَّذِيْنَ اُحْصِرُوْا فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ لَا يَسْتَطِيْعُوْنَ
ضَرْبًا فِي الْاَرْضِ يَحْسَبُهُمُ الْجَاهِلُ اَغْنِيَآءَ مِنَ
التَّعَفُّفِ تَعْرِفُهُمْ بِسِيْمٰهُمْ لَا يَسْـَٔلُوْنَ النَّاسَ
اِلْحَافًا وَمَا تُنْفِقُوْا مِنْ خَيْرٍ فَاِنَّ اللّٰهَ بِهٖ عَلِيْمٌ ﴿٢٧٣﴾ ع

275. Tiuj, kiuj disdonas el siaj propraĵoj nokte aŭ tage, kaŝe aŭ malkaŝe, trovos sian rekompencon ĉe sia Sinjoro kaj por ili ne plu estos timo nek malgajeco.

اَلَّذِيْنَ يُنْفِقُوْنَ اَمْوَالَهُمْ بِالَّيْلِ وَالنَّهَارِ سِرًّا وَّ
عَلَانِيَةً فَلَهُمْ اَجْرُهُمْ عِنْدَ رَبِّهِمْ ۚ وَلَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ
وَلَا هُمْ يَحْزَنُوْنَ ﴿٢٧٥﴾

276. La uzuristoj ekstaros en la tago de la Juĝo, kiel ekstaras tiu, kiun Satano frapis per frenezo. Tio estas, ĉar ili diras: "Komerci similas al postuli procentegon". Tamen Allah permesis la komercon kaj malpermesis la procentegon. Do tiuj, kiuj ricevas admonon de sia Sinjoro kaj rezignas, estos pardonitaj kaj ilia ofero estos ĉe Allah. Tiuj tamen, kiuj fariĝas rekulpaj, estos loĝantoj de l' fajro kaj tie ili restos por ĉiam.

اَلَّذِيْنَ يَاْكُلُوْنَ الرِّبٰوا لَا يَقُوْمُوْنَ اِلَّا كَمَا يَقُوْمُ الَّذِيْ
يَتَخَبَّطُهُ الشَّيْطٰنُ مِنَ الْمَسِّ ۚ ذٰلِكَ بِاَنَّهُمْ قَالُوْا اِنَّمَا
الْبَيْعُ مِثْلُ الرِّبٰوا ۘ وَاَحَلَّ اللّٰهُ الْبَيْعَ وَحَرَّمَ الرِّبٰوا ۚ
فَمَنْ جَآءَهٗ مَوْعِظَةٌ مِّنْ رَّبِّهٖ فَانْتَهٰى فَلَهٗ مَا سَلَفَ ۚ
وَاَمْرُهٗٓ اِلَى اللّٰهِ ۚ وَمَنْ عَادَ فَاُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ النَّارِ ۚ
هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿٢٧٦﴾

277. Allah forigos la procentegon kaj pliigos la bonfaradon. Allah ne amas la miskredanton kaj la pekulon, kiuj estas obstinaj.

يَمْحَقُ اللّٰهُ الرِّبٰوا وَيُرْبِي الصَّدَقٰتِ ۗ وَاللّٰهُ لَا يُحِبُّ
كُلَّ كَفَّارٍ اَثِيْمٍ ﴿٢٧٧﴾

278. Vere por la kredantoj kaj por la bonfarantoj kaj la preĝantoj kaj la almozdonantoj estos la rekompenco ĉe ilia Sinjoro kaj por ili plu ne estos timo nek malgajeco.

اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ وَاَقَامُوا الصَّلٰوةَ
وَاٰتَوُا الزَّكٰوةَ لَهُمْ اَجْرُهُمْ عِنْدَ رَبِّهِمْ ۚ وَلَا خَوْفٌ
عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ يَحْزَنُوْنَ ﴿٢٧٨﴾

279. Ho vi kredantoj! Respektegu Allahon kaj forigu la restaĵon de la procentego, se vi vere estas kredantoj!

يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوا اتَّقُوا اللّٰهَ وَذَرُوْا مَا بَقِيَ مِنَ
الرِّبٰوٓا اِنْ كُنْتُمْ مُّؤْمِنِيْنَ ﴿٢٧٩﴾

280. Se vi tamen ne faros tion, tiam atendu la atakon de Allah kaj de Lia sendito. Se vi poste pentos, tiam restos por vi viaj propraĵoj. Ne faru malbonon kaj vi ne ricevos malbonon.

فَاِنْ لَّمْ تَفْعَلُوْا فَاْذَنُوْا بِحَرْبٍ مِّنَ اللّٰهِ وَرَسُوْلِهٖ ۚ
وَاِنْ تُبْتُمْ فَلَكُمْ رُءُوْسُ اَمْوَالِكُمْ ۚ لَا تَظْلِمُوْنَ
وَلَا تُظْلَمُوْنَ ﴿٢٨٠﴾

281. Se la ŝuldanto havas malfacilaĵojn, konsentu al li prokraston ĝis plifaciliĝo; se vi tamen nuligos la ŝuldon, estos ankoraŭ pli bone por vi. Se vi scius!

وَاِنْ كَانَ ذُوْ عُسْرَةٍ فَنَظِرَةٌ اِلٰى مَيْسَرَةٍ ۚ وَاَنْ
تَصَدَّقُوْا خَيْرٌ لَّكُمْ اِنْ كُنْتُمْ تَعْلَمُوْنَ ﴿٢٨١﴾

282. Timu la tagon, en kiu vi revenos al Allah: tiam ĉiu ricevos la repagon, kiun li estos meritinta, kaj por neniu estos maljusteco.

وَاتَّقُوْا يَوْمًا تُرْجَعُوْنَ فِيْهِ اِلَى اللّٰهِ ثُمَّ تُوَفّٰى كُلُّ
نَفْسٍ مَّا كَسَبَتْ وَهُمْ لَا يُظْلَمُوْنَ ﴿٢٨٢﴾

283. Ho vi kredantoj! Kiam vi prenos unu de la alia prunton ĝis difinita tempo, fiksu ĝin skribe, kaj skribisto fiksu ĝin en via ĉeesto laŭvere. La skribisto ne rifuzu skribi, kiel Allah instruis al li, do li skribu kaj la pruntoprenanto diktu kaj respektegu Allahon, sian Sinjoron, kaj li ne kaŝu ion ajn. Se tamen la pruntoprenanto estas simplanima aŭ malforta aŭ nekapablas dikti, tiam diktu lia kuratoro laŭvere. Vi voku du el viaj viroj kiel atestantojn, kaj se du viroj ne estas haveblaj, tiam voku unu viron kaj du virinojn, kiuj ŝajnas taŭgaj al vi kiel atestantinoj, tiel ke se unu el ili forgesos, la alia povos memorigi ŝin; kaj la atestantoj ne rifuzu, kiam ili estos vokitaj, kaj ili ne malŝatu skribi ĝin, malgrande aŭ grande, kune kun la difinita tempo. Tio estas justa antaŭ Allah kaj deviga por la atestantoj kaj taŭga, por ke vi ne forgesu. Escepto estas permesita, se temas pri komerco de varoj, kiujn vi interŝanĝas en via ĉeesto. Tiukaze ne estos peko, se vi ne fiksos ĝin skribe. Kaj havu atestantojn, kiam vi vendos unu al la alia. Ne estiĝu malutilo por la skribisto nek por la atestanto. Se vi faros tion, tio estos pro via malobeemo. Respektegu Allahon; Allah instruas vin; Allah scias ĉion.

يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا اِذَا تَدَايَنْتُمْ بِدَيْنٍ اِلٰٓى اَجَلٍ
مُّسَمًّى فَاكْتُبُوْهُ ۗ وَلْيَكْتُبْ بَّيْنَكُمْ كَاتِبٌۢ بِالْعَدْلِ ۠ وَ
لَا يَاْبَ كَاتِبٌ اَنْ يَّكْتُبَ كَمَا عَلَّمَهُ اللّٰهُ فَلْيَكْتُبْ ۚ
وَلْيُمْلِلِ الَّذِيْ عَلَيْهِ الْحَقُّ وَلْيَتَّقِ اللّٰهَ رَبَّهٗ وَلَا
يَبْخَسْ مِنْهُ شَيْـًٔا ۗ فَاِنْ كَانَ الَّذِيْ عَلَيْهِ الْحَقُّ سَفِيْهًا
اَوْ ضَعِيْفًا اَوْ لَا يَسْتَطِيْعُ اَنْ يُّمِلَّ هُوَ فَلْيُمْلِلْ
وَلِيُّهٗ بِالْعَدْلِ ۗ وَاسْتَشْهِدُوْا شَهِيْدَيْنِ مِنْ رِّجَالِكُمْ ۚ
فَاِنْ لَّمْ يَكُوْنَا رَجُلَيْنِ فَرَجُلٌ وَّامْرَاَتٰنِ مِمَّنْ تَرْضَوْنَ
مِنَ الشُّهَدَآءِ اَنْ تَضِلَّ اِحْدٰىهُمَا فَتُذَكِّرَ اِحْدٰىهُمَا
الْاُخْرٰى ۗ وَلَا يَاْبَ الشُّهَدَآءُ اِذَا مَا دُعُوْا ۗ وَلَا تَسْـَٔمُوْٓا
اَنْ تَكْتُبُوْهُ صَغِيْرًا اَوْ كَبِيْرًا اِلٰٓى اَجَلِهٖ ۗ ذٰلِكُمْ اَقْسَطُ
عِنْدَ اللّٰهِ وَاَقْوَمُ لِلشَّهَادَةِ وَاَدْنٰٓى اَلَّا تَرْتَابُوْٓا اِلَّآ اَنْ
تَكُوْنَ تِجَارَةً حَاضِرَةً تُدِيْرُوْنَهَا بَيْنَكُمْ فَلَيْسَ عَلَيْكُمْ
جُنَاحٌ اَلَّا تَكْتُبُوْهَا ۗ وَاَشْهِدُوْٓا اِذَا تَبَايَعْتُمْ ۠ وَلَا
يُضَآرَّ كَاتِبٌ وَّلَا شَهِيْدٌ ۗ وَاِنْ تَفْعَلُوْا فَاِنَّهٗ فُسُوْقٌۢ
بِكُمْ ۗ وَاتَّقُوا اللّٰهَ ۗ وَيُعَلِّمُكُمُ اللّٰهُ ۗ وَاللّٰهُ بِكُلِّ شَيْءٍ
عَلِيْمٌ ﴿٢٨٣﴾

284. Se vi estos en vojaĝo kaj ne trovos skribiston, tiam estu donita garantiaĵo por gardi. Se iu el vi konfidos ion al la alia, tiam tiu, al kiu la garantiaĵo estas konfidita, redonu ĝin kaj respektegu Allahon, sian Sinjoron. Ne kaŝu la atestaĵon. Estas pekema la koro de tiu, kiu ĝin kaŝas. Allah scias, kion vi faras.

وَاِنْ كُنْتُمْ عَلٰى سَفَرٍ وَّلَمْ تَجِدُوْا كَاتِبًا فَرِهٰنٌ
مَّقْبُوْضَةٌ ۗ فَاِنْ اَمِنَ بَعْضُكُمْ بَعْضًا فَلْيُؤَدِّ الَّذِي
اؤْتُمِنَ اَمَانَتَهٗ وَلْيَتَّقِ اللّٰهَ رَبَّهٗ ۗ وَلَا تَكْتُمُوا الشَّهَادَةَ ۗ

285. Al Allah apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Ĉu vi malkaŝos aŭ kaŝos tion, kio estas en viaj animoj, Allah postulos pravigon de vi pri ĝi. Li pardonos, kiun Li volas, kaj punos, kiun Li volas. Allah vere havas povon super ĉiuj aferoj.

286. La sendito kredas je tio, kio estas sendita al li de lia Sinjoro kaj same la kredantoj. Ĉiu kredas je Allah kaj je Liaj anĝeloj kaj je Liaj Libroj kaj al Liaj senditoj: "Ni neniel distingas inter Liaj senditoj". Kaj ili diras: "Ni aŭdas kaj ni obeas. Donu al ni Vian pardonon, nia Sinjoro, kaj al Vi estos nia reveno".

287. Allah ne ŝarĝos iun ajn animon super ĝia kapablo, kaj por ĉiu kaj kontraŭ ĉiu estos nur tio, kion li estos meritinta. "Nia Sinjoro, ne punu nin, se ni forgesis aŭ eraris kaj ne postulu pravigon de ni, nia Sinjoro, kiel Vi postulis de tiuj, kiuj venis antaŭ ni. Nia Sinjoro, ne metu sur nin ion, kion ni ne kapablas elteni; pardonu kaj senkulpigu nin kaj havu kompaton al ni! Vi estas nia Majstro, do helpu nin kontraŭ la popolo miskredanta".

وَمَن يَكْتُمْهَا فَإِنَّهُ آثِمٌ قَلْبُهُ ۗ وَاللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ
عَلِيمٌ ﴿٢٨٤﴾ ع ٣٩
لِّلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ ۗ وَإِن تُبْدُوا
مَا فِي أَنفُسِكُمْ أَوْ تُخْفُوهُ يُحَاسِبْكُم بِهِ اللَّهُ ۖ فَيَغْفِرُ
لِمَن يَشَاءُ وَيُعَذِّبُ مَن يَشَاءُ ۗ وَاللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيرٌ ﴿٢٨٥﴾
آمَنَ الرَّسُولُ بِمَا أُنزِلَ إِلَيْهِ مِن رَّبِّهِ وَالْمُؤْمِنُونَ ۚ
كُلٌّ آمَنَ بِاللَّهِ وَمَلَائِكَتِهِ وَكُتُبِهِ وَرُسُلِهِ لَا نُفَرِّقُ
بَيْنَ أَحَدٍ مِّن رُّسُلِهِ ۚ وَقَالُوا سَمِعْنَا وَأَطَعْنَا ۖ غُفْرَانَكَ
رَبَّنَا وَإِلَيْكَ الْمَصِيرُ ﴿٢٨٦﴾
لَا يُكَلِّفُ اللَّهُ نَفْسًا إِلَّا وُسْعَهَا ۚ لَهَا مَا كَسَبَتْ وَعَلَيْهَا
مَا اكْتَسَبَتْ ۗ رَبَّنَا لَا تُؤَاخِذْنَا إِن نَّسِينَا أَوْ أَخْطَأْنَا ۚ
رَبَّنَا وَلَا تَحْمِلْ عَلَيْنَا إِصْرًا كَمَا حَمَلْتَهُ عَلَى الَّذِينَ
مِن قَبْلِنَا ۚ رَبَّنَا وَلَا تُحَمِّلْنَا مَا لَا طَاقَةَ لَنَا بِهِ ۖ
وَاعْفُ عَنَّا وَاغْفِرْ لَنَا وَارْحَمْنَا ۚ أَنتَ مَوْلَانَا
فَانصُرْنَا عَلَى الْقَوْمِ الْكَافِرِينَ ﴿٢٨٧﴾ ع ٨

## سُورَةُ آلِ عِمْرَانَ مَدَنِيَّةٌ (٣)

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Mīm**

3. Allah! Ne ekzistas alia Dio ol Li, la Vivanta, la Sendependa, la Ĉiosubtenanta.

4. Li sendis al vi la Libron kun la vero kiel plenumiĝon de tio, kio venis antaŭe, kaj antaŭe Li sendis la Toraon kaj la Evangelion kiel gvidilon por la homoj, kaj jen Li sendis la ekkonigilon.

5. Vere por tiuj, kiuj nekredas je la revelacioj de Allah, estos severa puno; Allah estas ĉiopova, la Posedanto de la repago.

6. Vere nenio estas kaŝebla antaŭ Allah, aŭ en la ĉielo aŭ sur la tero.

7. Estas Li Tiu, kiu vin formas en la utero, kiel Li volas. Ne ekzistas alia Dio ol Li, la Ĉiopova, la Saĝa.

8. Estas Li Tiu, kiu sendis al vi la Libron, en kiu estas versoj nemiskompreneblaj – tiuj estas la bazo de la Libro – kaj aliaj, kiuj estas alegoriaj. Tiuj homoj,en kies koroj estas pekemo, prenas tiujn versojn, kiuj estas alegoriaj, pro sia emo al disigo kaj interpretado. Neniu tamen scias ilian interpretadon krom Allah kaj krom la firmuloj en la scio, kiuj diras: "Ni kredas je ĝi; ĉio venas de nia Sinjoro". Tion tamen pripensas nur la prudentuloj.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ (١)
الٓمٓ (٢)
اللَّهُ لَآ إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ الْحَيُّ الْقَيُّومُ (٣)
نَزَّلَ عَلَيْكَ الْكِتَٰبَ بِالْحَقِّ مُصَدِّقًا لِّمَا بَيْنَ يَدَيْهِ
وَأَنزَلَ التَّوْرَىٰةَ وَالْإِنجِيلَ مِن قَبْلُ هُدًى
لِّلنَّاسِ وَأَنزَلَ الْفُرْقَانَ (٤)
إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا بِآيَٰتِ اللَّهِ لَهُمْ عَذَابٌ شَدِيدٌ
وَاللَّهُ عَزِيزٌ ذُو انتِقَامٍ (٥)
إِنَّ اللَّهَ لَا يَخْفَىٰ عَلَيْهِ شَيْءٌ فِي الْأَرْضِ وَلَا فِي
السَّمَاءِ (٦)
هُوَ الَّذِي يُصَوِّرُكُمْ فِي الْأَرْحَامِ كَيْفَ يَشَاءُ لَآ إِلَٰهَ
إِلَّا هُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ (٧)
هُوَ الَّذِي أَنزَلَ عَلَيْكَ الْكِتَٰبَ مِنْهُ آيَٰتٌ مُّحْكَمَٰتٌ
هُنَّ أُمُّ الْكِتَٰبِ وَأُخَرُ مُتَشَٰبِهَٰتٌ فَأَمَّا الَّذِينَ فِي
قُلُوبِهِمْ زَيْغٌ فَيَتَّبِعُونَ مَا تَشَٰبَهَ مِنْهُ ابْتِغَاءَ
الْفِتْنَةِ وَابْتِغَاءَ تَأْوِيلِهِ وَمَا يَعْلَمُ تَأْوِيلَهُ
إِلَّا اللَّهُ وَالرَّٰسِخُونَ فِي الْعِلْمِ يَقُولُونَ آمَنَّا بِهِ كُلٌّ
مِّنْ عِندِ رَبِّنَا وَمَا يَذَّكَّرُ إِلَّا أُولُوا الْأَلْبَٰبِ (٨)
رَبَّنَا لَا تُزِغْ قُلُوبَنَا بَعْدَ إِذْ هَدَيْتَنَا وَهَبْ لَنَا مِن

* v. la verson 34an k.sekv.

** Mi, Allah, Ĉioscia

9. Nia Sinjoro, ne permesu, ke niaj koroj eraru, post kiam Vi gvidis nin; konsentu al ni Viaflanke la gracon; Vi vere estas la Konsentanta.

10. Nia Sinjoro, Vi certe kunvenigos la homaron en la tago, pri kiu ne ekzistas dubo. Vere Allah ne rompas la promeson.

11. Vere al la miskredantoj neniom utilos la havaĵoj aŭ la filoj antaŭ Allah. Ili estos nutraĵo de l' fajro,

12. ĝuste kiel la popolo de Faraono kaj tiuj, kiuj estis antaŭe. Ili rifuzis Niajn signojn, do Allah trafis ilin pro iliaj kulpoj. Allah estas severa en la punado.

13. Diru al la miskredantoj: "Vi estos venkitaj kaj kunigitaj en la inferon. Kiel malbona estos tiu kuŝejo! ".

14. Vere jam estis signo por vi en la du armeoj, kiuj batalis: la unua por la afero de Allah, kaj la alia miskredanta; ĉi tiuj kredis, ke la aliaj estas duoble plimultaj ol ili mem. Allah do plifortigas per Sia helpo, kiun Li volas. En tio estas lernilo por tiuj, kiuj havas okulojn.

15. Estis plibeligita por la homoj la amo al la plezuroj, al la virinoj kaj al la filoj kaj al la propraĵoj amasigitaj el oro kaj arĝento kaj al la ĉevaloj bone dresitaj kaj al la bestaroj kaj kamparoj. Tio tamen estas nur provizaĵo por ĉi tiu vivo, sed estas Allah Tiu, ĉe kiu estos belega loĝejo.

16. Diru: "Ĉu mi donu al vi pli bonan novaĵon ol jenan? ". Por tiuj, kiuj respektegas sian Sinjoron, estos ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj – tie ili restos ĉiam – kaj en kiuj estos por ili puraj edzinoj kaj la bonvolo de Allah. Allah vidas la servantojn,

لَدُنْكَ رَحْمَةً ۚ إِنَّكَ أَنْتَ الْوَهَّابُ ﴿٩﴾
رَبَّنَا إِنَّكَ جَامِعُ النَّاسِ لِيَوْمٍ لَا رَيْبَ فِيهِ ۚ إِنَّ اللَّهَ
لَا يُخْلِفُ الْمِيعَادَ ﴿١٠﴾ ع
إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا لَنْ تُغْنِيَ عَنْهُمْ أَمْوَالُهُمْ وَلَا أَوْلَادُهُمْ
مِنَ اللَّهِ شَيْئًا ۖ وَأُولَٰئِكَ هُمْ وَقُودُ النَّارِ ﴿١١﴾
كَدَأْبِ آلِ فِرْعَوْنَ وَالَّذِينَ مِنْ قَبْلِهِمْ ۚ كَذَّبُوا
بِآيَاتِنَا فَأَخَذَهُمُ اللَّهُ بِذُنُوبِهِمْ ۗ وَاللَّهُ شَدِيدُ
الْعِقَابِ ﴿١٢﴾
قُلْ لِلَّذِينَ كَفَرُوا سَتُغْلَبُونَ وَتُحْشَرُونَ إِلَىٰ جَهَنَّمَ
وَبِئْسَ الْمِهَادُ ﴿١٣﴾
قَدْ كَانَ لَكُمْ آيَةٌ فِي فِئَتَيْنِ الْتَقَتَا ۖ فِئَةٌ تُقَاتِلُ فِي
سَبِيلِ اللَّهِ وَأُخْرَىٰ كَافِرَةٌ يَرَوْنَهُمْ مِثْلَيْهِمْ رَأْيَ
الْعَيْنِ ۚ وَاللَّهُ يُؤَيِّدُ بِنَصْرِهِ مَنْ يَشَاءُ ۗ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ
لَعِبْرَةً لِأُولِي الْأَبْصَارِ ﴿١٤﴾
زُيِّنَ لِلنَّاسِ حُبُّ الشَّهَوَاتِ مِنَ النِّسَاءِ وَالْبَنِينَ
وَالْقَنَاطِيرِ الْمُقَنْطَرَةِ مِنَ الذَّهَبِ وَالْفِضَّةِ وَالْخَيْلِ
الْمُسَوَّمَةِ وَالْأَنْعَامِ وَالْحَرْثِ ۗ ذَٰلِكَ مَتَاعُ الْحَيَاةِ
الدُّنْيَا ۖ وَاللَّهُ عِنْدَهُ حُسْنُ الْمَآبِ ﴿١٥﴾
قُلْ أَؤُنَبِّئُكُمْ بِخَيْرٍ مِنْ ذَٰلِكُمْ ۚ لِلَّذِينَ اتَّقَوْا عِنْدَ
رَبِّهِمْ جَنَّاتٌ تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ خَالِدِينَ فِيهَا
وَأَزْوَاجٌ مُطَهَّرَةٌ وَرِضْوَانٌ مِنَ اللَّهِ ۗ وَاللَّهُ بَصِيرٌ
بِالْعِبَادِ ﴿١٦﴾

17. kiuj diras: "Nia Sinjoro, vere ni kredas, do pardonu al ni niajn pekojn kaj protektu nin kontraŭ la puno de l' fajro",

18. la persistemajn, la sincerajn, la obeemajn, la almozdonemajn, tiujn, kiuj petas pardonon antaŭ la tagiĝo.

19. Allah certigas, ke ne ekzistas alia Dio ol Li – same la anĝeloj kaj tiuj, kiuj posedas la veran scion – , ke ne ekzistas alia Dio ol Li, la Ĉiopova, la Saĝa.

20. Vere, la sola religio antaŭ Allah estas la Islamo*. Tiuj, kiuj ricevis la Skribon, malkonsentas, pro ĵaluzo, post kiam al ili venis la scio. Kiu rifuzas la signojn de Allah, tiu sciu, ke Allah estas rapida je l' juĝo.

21. Se ili disputas kun vi, diru: "Ni submetiĝis al Allah kaj same niaj sekvantoj" kaj diru al la ricevintoj de la Skribo kaj al la malkleruloj: "Ĉu vi ankaŭ submetiĝis? ". Se ili estus submetiĝintaj, ili estus gvidataj. Se ili tamen turnas sin for, vi devas nur transdoni la senditaĵon. Allah vidas Siajn servantojn.

22. Al tiuj, kiuj rifuzas la signojn de Allah kaj mortigas la profetojn maljuste, kaj mortigas la predikantojn de la justeco inter la homoj, vi anoncu doloran punon.

23. Estas ili tiuj, kies verkoj estos vanaj en ĉi tiu kaj en la venonta vivo kaj por ili ne estos helpantoj.

24. Ĉu vi ne vidis tiujn, al kiuj estis donita parto de la Skribo? Ili estis vokitaj al la Libro de Allah, por ke estu juĝite super ili, kaj jen, iuj el ili turnas sin for malŝatante.

الَّذِينَ يَقُولُونَ رَبَّنَا إِنَّنَا آمَنَّا فَاغْفِرْ لَنَا ذُنُوبَنَا وَقِنَا
عَذَابَ النَّارِ ﴿١٧﴾
الصَّابِرِينَ وَالصَّادِقِينَ وَالْقَانِتِينَ وَالْمُنْفِقِينَ
وَالْمُسْتَغْفِرِينَ بِالْأَسْحَارِ ﴿١٨﴾
شَهِدَ اللَّهُ أَنَّهُ لَا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ وَالْمَلَائِكَةُ وَأُولُو الْعِلْمِ
قَائِمًا بِالْقِسْطِ ۚ لَا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿١٩﴾
إِنَّ الدِّينَ عِنْدَ اللَّهِ الْإِسْلَامُ ۗ وَمَا اخْتَلَفَ الَّذِينَ
أُوتُوا الْكِتَابَ إِلَّا مِنْ بَعْدِ مَا جَاءَهُمُ الْعِلْمُ بَغْيًا
بَيْنَهُمْ ۗ وَمَنْ يَكْفُرْ بِآيَاتِ اللَّهِ فَإِنَّ اللَّهَ سَرِيعُ
الْحِسَابِ ﴿٢٠﴾
فَإِنْ حَاجُّوكَ فَقُلْ أَسْلَمْتُ وَجْهِيَ لِلَّهِ وَمَنِ اتَّبَعَنِ
وَقُلْ لِلَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَابَ وَالْأُمِّيِّينَ أَأَسْلَمْتُمْ ۚ فَإِنْ
أَسْلَمُوا فَقَدِ اهْتَدَوْا ۖ وَإِنْ تَوَلَّوْا فَإِنَّمَا عَلَيْكَ الْبَلَاغُ
وَاللَّهُ بَصِيرٌ بِالْعِبَادِ ﴿٢١﴾ ع
إِنَّ الَّذِينَ يَكْفُرُونَ بِآيَاتِ اللَّهِ وَيَقْتُلُونَ النَّبِيِّينَ
بِغَيْرِ حَقٍّ وَيَقْتُلُونَ الَّذِينَ يَأْمُرُونَ بِالْقِسْطِ مِنَ
النَّاسِ فَبَشِّرْهُمْ بِعَذَابٍ أَلِيمٍ ﴿٢٢﴾
أُولَٰئِكَ الَّذِينَ حَبِطَتْ أَعْمَالُهُمْ فِي الدُّنْيَا وَالْآخِرَةِ
وَمَا لَهُمْ مِنْ نَاصِرِينَ ﴿٢٣﴾
أَلَمْ تَرَ إِلَى الَّذِينَ أُوتُوا نَصِيبًا مِنَ الْكِتَابِ يُدْعَوْنَ
إِلَىٰ كِتَابِ اللَّهِ لِيَحْكُمَ بَيْنَهُمْ ثُمَّ يَتَوَلَّىٰ فَرِيقٌ مِنْهُمْ وَ
هُمْ مُعْرِضُونَ ﴿٢٤﴾

---

* Submetiĝo, sindonemo, paco

25. Tio estas, ĉar ili diras: ”La fajro ne tuŝos nin krom dum malmultaj tagoj”. Iliaj mensogoj trompis ilin eĉ en ilia kredo.

ذٰلِكَ بِاَنَّهُمْ قَالُوْا لَنْ تَمَسَّنَا النَّارُ اِلَّآ اَيَّامًا مَّعْدُوْدٰتٍ
وَغَرَّهُمْ فِيْ دِيْنِهِمْ مَّا كَانُوْا يَفْتَرُوْنَ ﴿٢٥﴾

26. Kiel? Kiam Ni kunigos ilin en la tago, pri kiu ne estas dubo, kaj ĉiu ricevos tion, kion li estos meritinta, ili ne ricevos maljustecon.

فَكَيْفَ اِذَا جَمَعْنٰهُمْ لِيَوْمٍ لَّا رَيْبَ فِيْهِ وَوُفِّيَتْ
كُلُّ نَفْسٍ مَّا كَسَبَتْ وَهُمْ لَا يُظْلَمُوْنَ ﴿٢٦﴾

27. Diru: ”Ho Allah, Majstro de la suvereneco. Vi donas la suverenecon al kiu Vi volas kaj Vi forprenas la suverenecon de kiu Vi volas kaj Vi plialtigas kiun Vi volas kaj Vi humiligas kiun Vi volas. En Via mano estas la bono. Vere Vi havas povon super ĉiuj aferoj.

قُلِ اللّٰهُمَّ مٰلِكَ الْمُلْكِ تُؤْتِي الْمُلْكَ مَنْ تَشَآءُ وَتَنْزِعُ
الْمُلْكَ مِمَّنْ تَشَآءُ وَتُعِزُّ مَنْ تَشَآءُ وَتُذِلُّ مَنْ
تَشَآءُ بِيَدِكَ الْخَيْرُ اِنَّكَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿٢٧﴾

28. Vi faras la nokton tago kaj la tagon nokto kaj Vi vekas la mortintojn al la vivo kaj lasas la vivantojn morti kaj Vi donas al kiu Vi volas, sen limigo.

تُوْلِجُ الَّيْلَ فِي النَّهَارِ وَتُوْلِجُ النَّهَارَ فِي الَّيْلِ
وَتُخْرِجُ الْحَيَّ مِنَ الْمَيِّتِ وَتُخْرِجُ الْمَيِّتَ مِنَ الْحَيِّ
وَتَرْزُقُ مَنْ تَشَآءُ بِغَيْرِ حِسَابٍ ﴿٢٨﴾

29. La kredantoj ne prenu miskredantojn kiel amikojn prefere ol aliajn kredantojn. Kiu tion faras, ne estas amiko de Allah, escepte se vi estas singardemaj kontraŭ ili. Allah mem protektas vin kaj al Allah estos la reveno.

لَا يَتَّخِذِ الْمُؤْمِنُوْنَ الْكٰفِرِيْنَ اَوْلِيَآءَ مِنْ دُوْنِ
الْمُؤْمِنِيْنَ وَمَنْ يَّفْعَلْ ذٰلِكَ فَلَيْسَ مِنَ اللّٰهِ
فِيْ شَيْءٍ اِلَّآ اَنْ تَتَّقُوْا مِنْهُمْ تُقٰىةً وَيُحَذِّرُكُمُ
اللّٰهُ نَفْسَهٗ وَاِلَى اللّٰهِ الْمَصِيْرُ ﴿٢٩﴾

30. Diru: ”Ĉu vi kaŝas aŭ malkaŝas tion, kio estas en viaj brustoj, Allah scias, kaj Li scias tion, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Allah havas povon super ĉiuj aferoj”.

قُلْ اِنْ تُخْفُوْا مَا فِيْ صُدُوْرِكُمْ اَوْ تُبْدُوْهُ يَعْلَمْهُ
اللّٰهُ وَيَعْلَمُ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ وَ
اللّٰهُ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿٣٠﴾

31. En la tago, en kiu ĉiu animo trovos antaŭ si kunigitajn ĉiujn siajn bonajn kaj ĉiujn siajn malbonajn agojn, ĝi deziros, ke estu pli granda spaco inter si mem kaj la malbonaĵoj. Allah mem protektos vin. Allah estas senkulpigema, pardonema kontraŭ la servantoj.

يَوْمَ تَجِدُ كُلُّ نَفْسٍ مَّا عَمِلَتْ مِنْ خَيْرٍ مُّحْضَرًا
وَّمَا عَمِلَتْ مِنْ سُوْٓءٍ تَوَدُّ لَوْ اَنَّ بَيْنَهَا وَبَيْنَهٗ
اَمَدًا بَعِيْدًا وَيُحَذِّرُكُمُ اللّٰهُ نَفْسَهٗ وَاللّٰهُ رَءُوْفٌ
بِالْعِبَادِ ﴿٣١﴾

قُلْ اِنْ كُنْتُمْ تُحِبُّوْنَ اللّٰهَ فَاتَّبِعُوْنِيْ يُحْبِبْكُمُ

32. Diru: "Se vi amas Allahon, vi sekvu min; tiam Allah amos vin kaj pardonos al vi viajn pekojn. Allah estas senkulpigema, pardonema".

33. Diru: "Obeu Allahon kaj la senditon". Se ili tamen turnas sin for, sciu, ke Allah ne amas la miskredantojn.

34. Vere Allah elektis Adamon kaj Noan kaj la idaron de Abraham kaj la genton de Imrân super ĉiuj nacioj,

35. unu rason, unu genton devenintan de la alia. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

36. Memoru, kiam la edzino de Imrân diris: "Sinjoro, mi vere dediĉas al Via servado tion, kio estas en mia utero. Akceptu ĝin de mi. Vere Vi estas ĉioaŭda, ĉioscia".

37. Kiam ŝi estis naskinta, ŝi diris: "Sinjoro, mi naskis inon – Allah tamen bone sciis, kion ŝi naskis – knabo ne estas same kiel ino, sed mi nomis ŝin Maria kaj mi rekomendas ŝin kaj ŝian idaron al Vi kontraŭ Satano la Ŝtonumita".

38. Ŝia Sinjoro do akceptis ŝin favore kaj kreskigis ŝin fortika kaj elektis Zeĥarjan ŝia zorganto. Kiam Zeĥarja eniris ŝian ĉambron, li ĉiam trovis tie manĝaĵojn kaj li demandis: "Ho Maria, de kie vi havas ĉi tion? " kaj ŝi respondis: "Tio venas de Allah". Vere Allah donas al kiu Li volas, sen limigo.

39. Tiam preĝis Zeĥarja al sia Sinjoro dirante: "Mia Sinjoro, konsentu al mi puran idon plej bonan. Vere Vi estas la Aŭdanto de la preĝoj".

40. Vokis lin la anĝeloj, kiam li staris preĝante en sia ĉambro: "Sciu, ke Allah donas al vi la bonan novaĵon de Jahja kiel certigon de la vorto de Allah: nobla kaj pura, profeto inter la justuloj".

اللّٰهُ وَيَغْفِرْ لَكُمْ ذُنُوبَكُمْ وَاللّٰهُ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ۝٣١
قُلْ أَطِيعُوا اللّٰهَ وَالرَّسُولَ فَإِن تَوَلَّوْا فَإِنَّ اللّٰهَ لَا يُحِبُّ
الْكَافِرِينَ ۝٣٢
إِنَّ اللّٰهَ اصْطَفَىٰ آدَمَ وَنُوحًا وَآلَ إِبْرَاهِيمَ وَآلَ
عِمْرَانَ عَلَى الْعَالَمِينَ ۝٣٣
ذُرِّيَّةً بَعْضُهَا مِن بَعْضٍ وَاللّٰهُ سَمِيعٌ عَلِيمٌ ۝٣٤
إِذْ قَالَتِ امْرَأَتُ عِمْرَانَ رَبِّ إِنِّي نَذَرْتُ لَكَ مَا
فِي بَطْنِي مُحَرَّرًا فَتَقَبَّلْ مِنِّي إِنَّكَ أَنتَ السَّمِيعُ
الْعَلِيمُ ۝٣٥
فَلَمَّا وَضَعَتْهَا قَالَتْ رَبِّ إِنِّي وَضَعْتُهَا أُنثَىٰ وَاللّٰهُ
أَعْلَمُ بِمَا وَضَعَتْ وَلَيْسَ الذَّكَرُ كَالْأُنثَىٰ وَإِنِّي
سَمَّيْتُهَا مَرْيَمَ وَإِنِّي أُعِيذُهَا بِكَ وَذُرِّيَّتَهَا
مِنَ الشَّيْطَانِ الرَّجِيمِ ۝٣٦
فَتَقَبَّلَهَا رَبُّهَا بِقَبُولٍ حَسَنٍ وَأَنبَتَهَا نَبَاتًا حَسَنًا
وَكَفَّلَهَا زَكَرِيَّا كُلَّمَا دَخَلَ عَلَيْهَا زَكَرِيَّا الْمِحْرَابَ
وَجَدَ عِندَهَا رِزْقًا قَالَ يَا مَرْيَمُ أَنَّىٰ لَكِ هَٰذَا
قَالَتْ هُوَ مِنْ عِندِ اللّٰهِ إِنَّ اللّٰهَ يَرْزُقُ مَن يَشَاءُ
بِغَيْرِ حِسَابٍ ۝٣٧
هُنَالِكَ دَعَا زَكَرِيَّا رَبَّهُ قَالَ رَبِّ هَبْ لِي مِن
لَّدُنكَ ذُرِّيَّةً طَيِّبَةً إِنَّكَ سَمِيعُ الدُّعَاءِ ۝٣٨
فَنَادَتْهُ الْمَلَائِكَةُ وَهُوَ قَائِمٌ يُصَلِّي فِي الْمِحْرَابِ
أَنَّ اللّٰهَ يُبَشِّرُكَ بِيَحْيَىٰ مُصَدِّقًا بِكَلِمَةٍ مِّنَ اللّٰهِ

41. Li diris: "Sinjoro, kiel mi povas ricevi filon? Vere la aĝo jam subigis min kaj mia edzino estas nefekunda". Li respondis: "Tiel estas, ke Allah faras, kion Li volas".

42. Li diris: "Sinjoro, donu al mi signon". Li respondis: "Via signo estu, ke vi ne parolu al la homoj tri tagojn krom per gestoj. Kaj memoru vian Sinjoron intense kaj laŭdegu Lin vespere kaj frumatene".

43. Memoru, kiam la anĝeloj parolis: "Ho Maria, vere Allah preferis kaj purigis vin kaj elektis vin super la virinoj de ĉiuj nacioj,

44. ho Maria, obeu vian Sinjoron kaj terenkuŝiĝu kaj genufleksu kun la genufleksantoj".

45. Tiu anonco, kiun Ni revelaciis al vi, venas de la Nevideblaĵo. Vi ne estis inter ili, kiam ili ĵetis lotante la sagojn por la prizorgo de Maria, kaj vi ne estis inter ili, kiam ili disputis.

46. Kiam la anĝeloj diris: "Ho Maria, vere Allah donas al vi per Sia vorto bonan novaĵon: lia nomo estu "la Mesio", Jesuo, filo de Maria, honorata en ĉi tiu kaj en la venonta vivo, fakte Diproksimulo.

47. Li parolos al la homoj el la lulilo kaj kiam li estos plenkreskulo: li estos justulo".

48. Ŝi diris: "Sinjoro, kiel mi havos filon, se neniu viro tuŝis min? " kaj Li respondis: "Tiel Allah kreas, kion Li volas: kiam Li ion dekretas, Li nur diras al ĝi: "Estu! " kaj ĝi estas.

49. Li instruos al li la Libron kaj la saĝon kaj la Toraon kaj la Evangelion".

وَسَيِّدًا وَّحَصُوْرًا وَّنَبِيًّا مِّنَ الصّٰلِحِيْنَ ﴿٣٩﴾
قَالَ رَبِّ اَنّٰى يَكُوْنُ لِيْ غُلٰمٌ وَّقَدْ بَلَغَنِيَ الْكِبَرُ
وَامْرَاَتِيْ عَاقِرٌ ۭ قَالَ كَذٰلِكَ اللّٰهُ يَفْعَلُ مَا يَشَاۗءُ ﴿٤٠﴾
قَالَ رَبِّ اجْعَلْ لِّيْٓ اٰيَةً ۭ قَالَ اٰيَتُكَ اَلَّا تُكَلِّمَ النَّاسَ
ثَلٰثَةَ اَيَّامٍ اِلَّا رَمْزًا ۭ وَاذْكُرْ رَّبَّكَ كَثِيْرًا وَّسَبِّحْ بِالْعَشِيِّ
وَالْاِبْكَارِ ﴿٤١﴾ ع
وَاِذْ قَالَتِ الْمَلٰۗىِٕكَةُ يٰمَرْيَمُ اِنَّ اللّٰهَ اصْطَفٰىكِ وَ
طَهَّرَكِ وَاصْطَفٰىكِ عَلٰي نِسَاۗءِ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٤٢﴾
يٰمَرْيَمُ اقْنُتِيْ لِرَبِّكِ وَاسْجُدِيْ وَارْكَعِيْ مَعَ
الرّٰكِعِيْنَ ﴿٤٣﴾
ذٰلِكَ مِنْ اَنْۢبَاۗءِ الْغَيْبِ نُوْحِيْهِ اِلَيْكَ ۭ وَمَا كُنْتَ
لَدَيْهِمْ اِذْ يُلْقُوْنَ اَقْلَامَهُمْ اَيُّهُمْ يَكْفُلُ مَرْيَمَ
وَمَا كُنْتَ لَدَيْهِمْ اِذْ يَخْتَصِمُوْنَ ﴿٤٤﴾
اِذْ قَالَتِ الْمَلٰۗىِٕكَةُ يٰمَرْيَمُ اِنَّ اللّٰهَ يُبَشِّرُكِ بِكَلِمَةٍ
مِّنْهُ ڰ اسْمُهُ الْمَسِيْحُ عِيْسَى ابْنُ مَرْيَمَ وَجِيْهًا
فِي الدُّنْيَا وَالْاٰخِرَةِ وَمِنَ الْمُقَرَّبِيْنَ ﴿٤٥﴾
وَيُكَلِّمُ النَّاسَ فِي الْمَهْدِ وَكَهْلًا وَّمِنَ الصّٰلِحِيْنَ ﴿٤٦﴾
قَالَتْ رَبِّ اَنّٰى يَكُوْنُ لِيْ وَلَدٌ وَّلَمْ يَمْسَسْنِيْ بَشَرٌ ۭ
قَالَ كَذٰلِكِ اللّٰهُ يَخْلُقُ مَا يَشَاۗءُ ۭ اِذَا قَضٰٓى اَمْرًا فَاِنَّمَا
يَقُوْلُ لَهٗ كُنْ فَيَكُوْنُ ﴿٤٧﴾
وَيُعَلِّمُهُ الْكِتٰبَ وَالْحِكْمَةَ وَالتَّوْرٰىةَ وَالْاِنْجِيْلَ ﴿٤٨﴾
وَرَسُوْلًا اِلٰى بَنِيْٓ اِسْرَاۗءِيْلَ ڏ اَنِّيْ قَدْ جِئْتُكُمْ بِاٰيَةٍ

50. Kaj Li sendis lin al la idoj de Izrael: "Vere mi venas al vi kun signo de via Sinjoro: vidu, ke mi formos por vi birdon el argilo, poste mi blovetos sur ĝin kaj ĝi fariĝos birdo vivanta laŭ la ordono de Allah, kaj mi resanigos la blindulojn kaj la leprulojn, kaj mi revivigos la mortintojn laŭ la ordono de Allah, kaj mi sciigos al vi, kion vi manĝu kaj kion vi rezervu en viaj domoj; vere en tio estas signo por vi, se vi estas kredantoj.

مِنْ رَّبِّكُمْ ۙ اَنِّيْٓ اَخْلُقُ لَكُمْ مِّنَ الطِّيْنِ كَهَيْـَٔةِ الطَّيْرِ
فَاَنْفُخُ فِيْهِ فَيَكُوْنُ طَيْرًۢا بِاِذْنِ اللّٰهِ ۚ وَاُبْرِئُ
الْاَكْمَهَ وَالْاَبْرَصَ وَاُحْيِ الْمَوْتٰى بِاِذْنِ اللّٰهِ ۚ وَ
اُنَبِّئُكُمْ بِمَا تَاْكُلُوْنَ وَمَا تَدَّخِرُوْنَ ۙ فِيْ بُيُوْتِكُمْ ؕ
اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيَةً لَّكُمْ اِنْ كُنْتُمْ مُّؤْمِنِيْنَ ۚ ﴿٥٠﴾

51. Mi certigos tion, kio estis antaŭ mi, la Toraon, kaj permesos al vi ion el tiuj aĵoj, kiuj estis malpermesitaj, kaj mi venas al vi kun signo de via Sinjoro. Respektegu Allahon kaj obeu min;

وَمُصَدِّقًا لِّمَا بَيْنَ يَدَيَّ مِنَ التَّوْرٰىةِ وَلِاُحِلَّ
لَكُمْ بَعْضَ الَّذِيْ حُرِّمَ عَلَيْكُمْ وَجِئْتُكُمْ بِاٰيَةٍ
مِّنْ رَّبِّكُمْ ۟ فَاتَّقُوا اللّٰهَ وَاَطِيْعُوْنِ ﴿٥١﴾

52. vere Allah estas mia kaj via Sinjoro, vi adoru Lin. Tiu estas la rekta vojo".

اِنَّ اللّٰهَ رَبِّيْ وَرَبُّكُمْ فَاعْبُدُوْهُ ؕ هٰذَا صِرَاطٌ
مُّسْتَقِيْمٌ ﴿٥٢﴾

53. Kiam Jesuo perceptis ilian nekredon, li diris: "Kiu volas esti mia helpanto ĉe Allah? ". La disĉiploj respondis: "Ni estos viaj helpantoj ĉe Allah, ni kredas je Allah, kaj vi atestu, ke ni estas submetiĝintaj.

فَلَمَّآ اَحَسَّ عِيْسٰى مِنْهُمُ الْكُفْرَ قَالَ مَنْ اَنْصَارِيْٓ
اِلَى اللّٰهِ ؕ قَالَ الْحَوَارِيُّوْنَ نَحْنُ اَنْصَارُ اللّٰهِ ۚ اٰمَنَّا
بِاللّٰهِ ۚ وَاشْهَدْ بِاَنَّا مُسْلِمُوْنَ ﴿٥٣﴾

54. Nia Sinjoro, ni kredas je tio, kion Vi sendis, kaj ni sekvos la senditon. Do enskribu nin inter la atestantojn".

رَبَّنَآ اٰمَنَّا بِمَآ اَنْزَلْتَ وَاتَّبَعْنَا الرَّسُوْلَ فَاكْتُبْنَا
مَعَ الشّٰهِدِيْنَ ﴿٥٤﴾

55. Ili projektis, sed ankaŭ Allah projektis; Allah tamen estas la plej lerta projektanto.

وَمَكَرُوْا وَمَكَرَ اللّٰهُ ؕ وَاللّٰهُ خَيْرُ الْمٰكِرِيْنَ ﴿٥٥﴾

56. Kiam Allah diris; "Ho Jesuo, Mi igos vin morti kaj levos vin al Mi kaj purigos vin je la ruzoj de la miskredantoj kaj metos viajn disĉiplojn super la miskredantojn ĝis la tago de la reviviĝo. Tiam estos via reveno al Mi kaj Mi juĝos super vi ĉiuj pri tio, pri kio vi malkonsentis".

اِذْ قَالَ اللّٰهُ يٰعِيْسٰٓى اِنِّيْ مُتَوَفِّيْكَ وَرَافِعُكَ اِلَيَّ
وَمُطَهِّرُكَ مِنَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَجَاعِلُ الَّذِيْنَ
اتَّبَعُوْكَ فَوْقَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اِلٰى يَوْمِ الْقِيٰمَةِ ۚ ثُمَّ
اِلَيَّ مَرْجِعُكُمْ فَاَحْكُمُ بَيْنَكُمْ فِيْمَا كُنْتُمْ فِيْهِ
تَخْتَلِفُوْنَ ﴿٥٦﴾

57. Rilate al la miskredantoj: Mi punos ilin per severa puno en ĉi tiu kaj en la venonta vivo kaj por ili ne estos helpantoj.

فَاَمَّا الَّذِيْنَ كَفَرُوْا فَاُعَذِّبُهُمْ عَذَابًا شَدِيْدًا فِي

58. Rilate al la kredantoj kaj bonfarantoj: Li elpagos al ili ilian tutan salajron: Allah ne amas la pekulojn.

59. "Tio, kion Ni proklamas al vi, estas el la revelacioj kaj el la saĝa admono".

60. Vere Jesuo similas ĉe Allah al Adam. Li formis tiun el tero, poste diris al li: "Estu! " kaj li estis.

61. La vero de via Sinjoro; do ne estu dubanto.

62. Al tiuj nun, kiuj disputas pri la vera scio, kiu venis al vi, vi diru: "Venu, ni voku niajn kaj viajn filojn, niajn kaj viajn edzinojn, nian kaj vian genton, poste ni preĝu sindoneme kaj ni alvoku la malbenon de Allah sur la mensogulojn".

63. Vere nur tiu estas la vera anonco, vere neniu alia ol Allah estas adorinda kaj vere Allah estas la Ĉiopova, la Saĝa.

64. Se ili turnos sin for, sciu, ke Allah konas la malpacemulojn.

65. Diru: "Ho popolo de la Skribo! Venu ĉi tien al la parolo, kiu estas la sama por ni kaj por vi: "ke ni ne adoru iun alian ol Allahon kaj ne aldonu ion al Li kiel rivalon, kaj ne faru unu la alian kiel Sinjoron anstataŭ Allah". Se ili tamen turnas sin for, diru: "Atestu, ke ni submetiĝis! ".

66. Ho popolo de la Skribo, kial vi disputas pri Abraham? La Torao kaj la Evangelio estis senditaj nur post li. Ĉu vi ne komprenas?

67. Rigardu! Estas vi tiuj, kiuj disputis pri tio, kion vi sciis; sed kial vi disputas pri tio, kion vi ne scias? Allah scias, sed vi ne scias.

الدُّنْيَا وَالْآخِرَةِ ۖ وَمَا لَهُم مِّن نَّاصِرِينَ ﴿٥٧﴾
وَأَمَّا الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ فَيُوَفِّيهِمْ أُجُورَهُمْ ۗ
وَاللَّهُ لَا يُحِبُّ الظَّالِمِينَ ﴿٥٨﴾
ذَٰلِكَ نَتْلُوهُ عَلَيْكَ مِنَ الْآيَاتِ وَالذِّكْرِ الْحَكِيمِ ﴿٥٩﴾
إِنَّ مَثَلَ عِيسَىٰ عِندَ اللَّهِ كَمَثَلِ آدَمَ ۖ خَلَقَهُ مِن
تُرَابٍ ثُمَّ قَالَ لَهُ كُن فَيَكُونُ ﴿٦٠﴾
الْحَقُّ مِن رَّبِّكَ فَلَا تَكُن مِّنَ الْمُمْتَرِينَ ﴿٦١﴾
فَمَنْ حَاجَّكَ فِيهِ مِن بَعْدِ مَا جَاءَكَ مِنَ الْعِلْمِ
فَقُلْ تَعَالَوْا نَدْعُ أَبْنَاءَنَا وَأَبْنَاءَكُمْ وَنِسَاءَنَا وَ
نِسَاءَكُمْ وَأَنفُسَنَا وَأَنفُسَكُمْ ثُمَّ نَبْتَهِلْ فَنَجْعَل
لَّعْنَتَ اللَّهِ عَلَى الْكَاذِبِينَ ﴿٦٢﴾
إِنَّ هَٰذَا لَهُوَ الْقَصَصُ الْحَقُّ ۚ وَمَا مِنْ إِلَٰهٍ إِلَّا اللَّهُ ۚ
وَإِنَّ اللَّهَ لَهُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿٦٣﴾
فَإِن تَوَلَّوْا فَإِنَّ اللَّهَ عَلِيمٌ بِالْمُفْسِدِينَ ﴿٦٤﴾ ع
قُلْ يَا أَهْلَ الْكِتَابِ تَعَالَوْا إِلَىٰ كَلِمَةٍ سَوَاءٍ بَيْنَنَا وَبَيْنَكُمْ
أَلَّا نَعْبُدَ إِلَّا اللَّهَ وَلَا نُشْرِكَ بِهِ شَيْئًا وَلَا يَتَّخِذَ بَعْضُنَا
بَعْضًا أَرْبَابًا مِّن دُونِ اللَّهِ ۚ فَإِن تَوَلَّوْا فَقُولُوا اشْهَدُوا
بِأَنَّا مُسْلِمُونَ ﴿٦٥﴾
يَا أَهْلَ الْكِتَابِ لِمَ تُحَاجُّونَ فِي إِبْرَاهِيمَ وَمَا أُنزِلَتِ
التَّوْرَاةُ وَالْإِنجِيلُ إِلَّا مِن بَعْدِهِ ۚ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ﴿٦٦﴾
هَا أَنتُمْ هَٰؤُلَاءِ حَاجَجْتُمْ فِيمَا لَكُم بِهِ عِلْمٌ فَلِمَ
تُحَاجُّونَ فِيمَا لَيْسَ لَكُم بِهِ عِلْمٌ ۚ وَاللَّهُ يَعْلَمُ وَ

68. Abraham ne estis Judo nek Kristano, sed li estis justulo kaj submetiĝinto. Li ne estis idolano.

69. Certe proksimuloj de Abraham estas tiuj, kiuj lin sekvis, kaj ĉi tiu profeto kaj la kredantoj. Allah estas la protektanto de la kredantoj.

70. Iuj el la popolo de la Skribo emus erarigi vin, sed ili sukcesas erarigi nur sin mem, kaj ili ne komprenas.

71. Ho vi, popolo de la Skribo! Kial vi rifuzas la signojn de Allah, kvankam vi estis atestantoj?

72. Ho vi, popolo de la Skribo! Kial vi miksas la veron kun la falso kaj intence kaŝas la veron?

73. Diras iuj el la popolo de la Skribo: "Kredu komence de la tago je tio, kio estis sendita al la kredantoj, kaj rifuzu ĝin poste, por ke ili forlasu".

74. Vi kredu nur al tiu, kiu sekvas vian religion. Diru: "La vera gvidado, la gvidado de Allah estas, ke al ĉiu estis donita la samo kiel al vi, por ke ili ne disputu kun vi antaŭ via Sinjoro". Diru: "Vere la kredo estas en la mano de Allah. Li konsentas ĝin al kiu Li volas. Allah estas indulgema, ĉioscia.

75. Li elektas per Sia graco tiun, kiun Li volas. Allah estas la Posedanto de granda indulgemo".

76. Inter la popolo de la Skribo estas iu, kiu redonus al vi ĉiun ajn trezoron, kiun vi konfidis al li, kaj ankaŭ estas iu, kiu ne redonus al vi eĉ unu dinaron, kiun vi konfidis al li,

أَنتُمْ لَا تَعْلَمُونَ ﴿٦٧﴾
مَا كَانَ إِبْرَاهِيمُ يَهُودِيًّا وَلَا نَصْرَانِيًّا وَلَٰكِن كَانَ
حَنِيفًا مُّسْلِمًا وَمَا كَانَ مِنَ الْمُشْرِكِينَ ﴿٦٨﴾
إِنَّ أَوْلَى النَّاسِ بِإِبْرَاهِيمَ لَلَّذِينَ اتَّبَعُوهُ وَهَٰذَا
النَّبِيُّ وَالَّذِينَ آمَنُوا وَاللَّهُ وَلِيُّ الْمُؤْمِنِينَ ﴿٦٩﴾
وَدَّت طَّائِفَةٌ مِّنْ أَهْلِ الْكِتَابِ لَوْ يُضِلُّونَكُمْ وَمَا
يُضِلُّونَ إِلَّا أَنفُسَهُمْ وَمَا يَشْعُرُونَ ﴿٧٠﴾
يَا أَهْلَ الْكِتَابِ لِمَ تَكْفُرُونَ بِآيَاتِ اللَّهِ وَأَنتُمْ
تَشْهَدُونَ ﴿٧١﴾
يَا أَهْلَ الْكِتَابِ لِمَ تَلْبِسُونَ الْحَقَّ بِالْبَاطِلِ وَتَكْتُمُونَ
الْحَقَّ وَأَنتُمْ تَعْلَمُونَ ﴿٧٢﴾ ع ٧ ١٥
وَقَالَت طَّائِفَةٌ مِّنْ أَهْلِ الْكِتَابِ آمِنُوا بِالَّذِي أُنزِلَ
عَلَى الَّذِينَ آمَنُوا وَجْهَ النَّهَارِ وَاكْفُرُوا آخِرَهُ لَعَلَّهُمْ
يَرْجِعُونَ ﴿٧٣﴾
وَلَا تُؤْمِنُوا إِلَّا لِمَن تَبِعَ دِينَكُمْ قُلْ إِنَّ الْهُدَىٰ
هُدَى اللَّهِ أَن يُؤْتَىٰ أَحَدٌ مِّثْلَ مَا أُوتِيتُمْ أَوْ
يُحَاجُّوكُمْ عِندَ رَبِّكُمْ قُلْ إِنَّ الْفَضْلَ بِيَدِ اللَّهِ
يُؤْتِيهِ مَن يَشَاءُ وَاللَّهُ وَاسِعٌ عَلِيمٌ ﴿٧٤﴾
يَخْتَصُّ بِرَحْمَتِهِ مَن يَشَاءُ وَاللَّهُ ذُو الْفَضْلِ
الْعَظِيمِ ﴿٧٥﴾
وَمِنْ أَهْلِ الْكِتَابِ مَنْ إِن تَأْمَنْهُ بِقِنطَارٍ يُؤَدِّهِ
إِلَيْكَ وَمِنْهُم مَّنْ إِن تَأْمَنْهُ بِدِينَارٍ لَّا يُؤَدِّهِ

se vi ne postulus ĝin persiste. Tio estas, ĉar ili diras: "Ni ne havas iun ajn devon kontraŭ la malkleruloj". Ili intence diras mensogon kontraŭ Allah.

اِلَيْكَ اِلَّا مَا دُمْتَ عَلَيْهِ قَآئِمًا ۗ ذٰلِكَ بِاَنَّهُمْ قَالُوْا
لَيْسَ عَلَيْنَا فِي الْاُمِّيّٖنَ سَبِيْلٌ ۚ وَيَقُوْلُوْنَ عَلَى اللّٰهِ
الْكَذِبَ وَهُمْ يَعْلَمُوْنَ ﴿٧٦﴾

77. Ne! Kiu plenumas sian devon al Li kaj respektegas Lin, tiu sciu: Allah amas la justulojn.

بَلٰى مَنْ اَوْفٰى بِعَهْدِهٖ وَاتَّقٰى فَاِنَّ اللّٰهَ يُحِبُّ
الْمُتَّقِيْنَ ﴿٧٧﴾

78. Tiuj, kiuj fordonas la aliancon kun Allah kaj siajn ĵurojn kontraŭ malalta prezo, ne partoprenos en la vivo venonta kaj Allah ne parolos al ili nek rigardos ilin en la tago de la reviviĝo, kaj Li ne purigos ilin, kaj por ili estos dolora puno.

اِنَّ الَّذِيْنَ يَشْتَرُوْنَ بِعَهْدِ اللّٰهِ وَاَيْمَانِهِمْ ثَمَنًا
قَلِيْلًا اُولٰٓئِكَ لَا خَلَاقَ لَهُمْ فِي الْاٰخِرَةِ وَلَا يُكَلِّمُهُمُ
اللّٰهُ وَلَا يَنْظُرُ اِلَيْهِمْ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ وَلَا يُزَكِّيْهِمْ
وَلَهُمْ عَذَابٌ اَلِيْمٌ ﴿٧٨﴾

79. Kaj vere inter ili estas iuj, kiuj per siaj langoj distordas la Skribon, por ke vi supozu, ke io venas el la Skribo, kvankam ĝi ne venas el la Skribo, kaj ili diras: "Tio venas de Allah". Tamen ĝi ne venas de Allah. Ili intence diras mensogon kontraŭ Allah.

وَاِنَّ مِنْهُمْ لَفَرِيْقًا يَّلْوٗنَ اَلْسِنَتَهُمْ بِالْكِتٰبِ
لِتَحْسَبُوْهُ مِنَ الْكِتٰبِ وَمَا هُوَ مِنَ الْكِتٰبِ ۚ وَيَقُوْلُوْنَ
هُوَ مِنْ عِنْدِ اللّٰهِ وَمَا هُوَ مِنْ عِنْدِ اللّٰهِ ۚ وَيَقُوْلُوْنَ
عَلَى اللّٰهِ الْكَذِبَ وَهُمْ يَعْلَمُوْنَ ﴿٧٩﴾

80. Ne konvenas al iu ajn, al kiu Allah donis la Libron kaj la aŭtoritaton kaj la profetadon, poste diri al la homoj: "Estu miaj servantoj, anstataŭ esti servantoj de Allah" sed kontraŭe: "Estu perfektaj en la instruado de la Libro kaj en ĝia studado".

مَا كَانَ لِبَشَرٍ اَنْ يُّؤْتِيَهُ اللّٰهُ الْكِتٰبَ وَالْحُكْمَ وَ
النُّبُوَّةَ ثُمَّ يَقُوْلَ لِلنَّاسِ كُوْنُوْا عِبَادًا لِّيْ مِنْ دُوْنِ
اللّٰهِ وَلٰكِنْ كُوْنُوْا رَبّٰنِيّٖنَ بِمَا كُنْتُمْ تُعَلِّمُوْنَ الْكِتٰبَ
وَبِمَا كُنْتُمْ تَدْرُسُوْنَ ﴿٨٠﴾

81. Nek konvenas al li ordoni al vi, ke vi prenu la anĝelojn aŭ la profetojn kiel viajn Sinjorojn. Ĉu li ordonus al vi miskredi, post kiam vi submetiĝis?

وَلَا يَاْمُرَكُمْ اَنْ تَتَّخِذُوا الْمَلٰٓئِكَةَ وَالنَّبِيّٖنَ اَرْبَابًا ؕ
اَيَاْمُرُكُمْ بِالْكُفْرِ بَعْدَ اِذْ اَنْتُمْ مُّسْلِمُوْنَ ﴿٨١﴾ ع

82. Memoru, kiam Allah faris kun ili la aliancon de la profetoj: "Kion ajn Mi donos al vi el la Libro kaj el la saĝo, poste venos al vi sendito, kiel plenumiĝo de tio, kio estas ĉe vi, do vi kredu al li kaj helpu lin". Li diris: "Ĉu vi konsentas kaj akceptas tion sub tiu kondiĉo? " kaj ili respondis: "Ni konsentas". kaj tiam Li diris: "Do atestu ĝin, kaj Mi estos kun vi kiel atestanto".

وَاِذْ اَخَذَ اللّٰهُ مِيْثَاقَ النَّبِيّٖنَ لَمَآ اٰتَيْتُكُمْ مِّنْ
كِتٰبٍ وَّحِكْمَةٍ ثُمَّ جَآءَكُمْ رَسُوْلٌ مُّصَدِّقٌ لِّمَا
مَعَكُمْ لَتُؤْمِنُنَّ بِهٖ وَلَتَنْصُرُنَّهٗ ؕ قَالَ ءَاَقْرَرْتُمْ

83. Kiu tamen post tio turnas sin for, tiu estas pekulo.

84. Ĉu ili serĉas alian kredon ol tiun de Allah? Ĉio tamen submetiĝis al Li en la ĉielo kaj sur la tero, aŭ propramove aŭ ne; kaj ĉiuj revenos al Li!

85. Diru: "Ni kredas je Allah kaj je tio, kio estas sendita al ni, kaj je tio, kio estis sendita al Abraham kaj al Ismael kaj al Isaak kaj al Jakob kaj al la idaro; kaj je tio, kio estis donita al Moseo kaj al Jesuo kaj al la profetoj fare de ilia Sinjoro. Ni neniel distingas inter iuj el ili, kaj ni submetiĝis al Li"

86. Kiu serĉas alian kredon ol la Islamon, sciu: neniam ĝi estos akceptita de li, kaj en la tago de la Juĝo li estos unu el la perdantoj.

87. Kiel gvidos Allah popolon, kiu miskredis? Tamen ĝi jam kredis kaj atestis, ke la sendito estas vera, kaj jam al ili venis signoj evidentaj! Allah ne gvidas la popolon malbonfarantan.

88. La repago por ili estos, ke sur ilin falos la malbeno de Allah kaj de la anĝeloj kaj de ĉiuj homoj.

89. Ili restos sub ĝi. Ilia puno ne estos mildigita kaj por ili ne estos prokrasto,

90. krom por tiuj, kiuj poste pentos kaj pliboniĝos. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

91. Vere tiuj, kiuj miskredas, post kiam ili kredis, kaj poste des pli miskredas, ilia pento ne estos akceptita. Estas ili la erarantoj.

92. Vere la miskredantoj, kiuj mortos en tia stato, eĉ de unu el ili ne estus akceptita tuta mondo el oro, se li proponus ĝin kiel elaĉeton. Por ili estos dolora puno kaj por ili ne estos helpantoj.

* Fino de la 3-a parto

وَأَخَذْتُمْ عَلَىٰ ذَٰلِكُمْ إِصْرِي ۖ قَالُوا أَقْرَرْنَا ۚ قَالَ
فَاشْهَدُوا وَأَنَا مَعَكُم مِّنَ الشَّاهِدِينَ ﴿٨٢﴾
فَمَن تَوَلَّىٰ بَعْدَ ذَٰلِكَ فَأُولَٰئِكَ هُمُ الْفَاسِقُونَ ﴿٨٣﴾
أَفَغَيْرَ دِينِ اللَّهِ يَبْغُونَ وَلَهُ أَسْلَمَ مَن فِي السَّمَاوَاتِ
وَالْأَرْضِ طَوْعًا وَكَرْهًا وَإِلَيْهِ يُرْجَعُونَ ﴿٨٤﴾
قُلْ آمَنَّا بِاللَّهِ وَمَا أُنزِلَ عَلَيْنَا وَمَا أُنزِلَ عَلَىٰ إِبْرَاهِيمَ
وَإِسْمَاعِيلَ وَإِسْحَاقَ وَيَعْقُوبَ وَالْأَسْبَاطِ وَمَا
أُوتِيَ مُوسَىٰ وَعِيسَىٰ وَالنَّبِيُّونَ مِن رَّبِّهِمْ لَا نُفَرِّقُ
بَيْنَ أَحَدٍ مِّنْهُمْ وَنَحْنُ لَهُ مُسْلِمُونَ ﴿٨٥﴾
وَمَن يَبْتَغِ غَيْرَ الْإِسْلَامِ دِينًا فَلَن يُقْبَلَ مِنْهُ
وَهُوَ فِي الْآخِرَةِ مِنَ الْخَاسِرِينَ ﴿٨٦﴾
كَيْفَ يَهْدِي اللَّهُ قَوْمًا كَفَرُوا بَعْدَ إِيمَانِهِمْ وَ
شَهِدُوا أَنَّ الرَّسُولَ حَقٌّ وَجَاءَهُمُ الْبَيِّنَاتُ ۚ وَاللَّهُ
لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الظَّالِمِينَ ﴿٨٧﴾
أُولَٰئِكَ جَزَاؤُهُمْ أَنَّ عَلَيْهِمْ لَعْنَةَ اللَّهِ وَالْمَلَائِكَةِ
وَالنَّاسِ أَجْمَعِينَ ﴿٨٨﴾
خَالِدِينَ فِيهَا لَا يُخَفَّفُ عَنْهُمُ الْعَذَابُ وَ
لَا هُمْ يُنظَرُونَ ﴿٨٩﴾
إِلَّا الَّذِينَ تَابُوا مِن بَعْدِ ذَٰلِكَ وَأَصْلَحُوا فَإِنَّ
اللَّهَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿٩٠﴾
إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا بَعْدَ إِيمَانِهِمْ ثُمَّ ازْدَادُوا كُفْرًا
لَّن تُقْبَلَ تَوْبَتُهُمْ وَأُولَٰئِكَ هُمُ الضَّالُّونَ ﴿٩١﴾

93. Vi neniam atingos la virton, antaŭ ol vi disdonos el tio, kion vi avidas; kion ajn vi disdonas, Allah scias.

94. Ĉiu ajn manĝaĵo estis permesita al la idoj de Izrael krom tio, kion Izrael malpermesis al si mem, antaŭ ol la Torao estis sendita. Diru: "Alportu do la Toraon kaj legu ĝin, se vi estas sinceraj"

95. Kiuj tamen poste elpensas mensogojn kontraŭ Allah, tiuj estas pekuloj.

96. Diru: "Allah diras la veron, do sekvu la kredon de Abraham la justulo; li ne estis idolano".

97. Vere la unua Domo, kiu estis fondita por la homoj, estis tiu en Bakka*, benata, kaj gvidilo por ĉiuj nacioj.

98. En ĝi estas signoj evidentaj, ĝi estis la restadejo de Abraham. Kiu ĝin eniras, tiu havas pacon. Por tiu, kiu iel ajn povos trovi la vojon por iri pilgrime al ĝi, tio estas devo antaŭ Allah. Kiu rifuzos, tiu sciu, ke Allah vere estas sendependa de ĉiuj kreitaĵoj.

99. Diru: "Ho popolo de la Skribo! Kial vi rifuzas la signojn de Allah, kvankam Allah vidas, kion ajn vi faras? ".

100. Diru: "Ho popolo de la Skribo! Kial vi deflankigas de la vojo de Allah la kredantojn? Vi emus fari ĝin malrekta, kvankam vi estis atestantoj. Allah ne ignoras, kion vi faras.

101. Ho kredantoj, se vi kredos al iuj el la ricevintoj de la Skribo, ili faros vin miskredantoj, post kiam vi estis kredantoj.

إن الذين كفروا وماتوا وهم كفار فلن يقبل
من أحدهم ملء الأرض ذهبا ولو افتدى به
أولئك لهم عذاب أليم وما لهم من ناصرين ﴿٩١﴾
لن تنالوا البر حتى تنفقوا مما تحبون وما
تنفقوا من شيء فإن الله به عليم ﴿٩٢﴾
كل الطعام كان حلا لبني إسرائيل إلا ما حرم
إسرائيل على نفسه من قبل أن تنزل التوراة
قل فأتوا بالتوراة فاتلوها إن كنتم صادقين ﴿٩٣﴾
فمن افترى على الله الكذب من بعد ذلك فأولئك
هم الظالمون ﴿٩٤﴾
قل صدق الله فاتبعوا ملة إبراهيم حنيفا وما
كان من المشركين ﴿٩٥﴾
إن أول بيت وضع للناس للذي ببكة مباركا
وهدى للعالمين ﴿٩٦﴾
فيه آيات بينات مقام إبراهيم ومن دخله كان
آمنا ولله على الناس حج البيت من استطاع
إليه سبيلا ومن كفر فإن الله غني عن العالمين ﴿٩٧﴾
قل يا أهل الكتاب لم تكفرون بآيات الله والله
شهيد على ما تعملون ﴿٩٨﴾
قل يا أهل الكتاب لم تصدون عن سبيل الله
من آمن تبغونها عوجا وأنتم شهداء وما الله
بغافل عما تعملون ﴿٩٩﴾

* La valo de Mekko

يٰۤاَيُّهَا الَّذِيۡنَ اٰمَنُوۡۤا اِنۡ تُطِيۡعُوۡا فَرِيۡقًا مِّنَ الَّذِيۡنَ
اُوۡتُوا الۡكِتٰبَ يَرُدُّوۡكُمۡ بَعۡدَ اِيۡمَانِكُمۡ كٰفِرِيۡنَ ﴿١٠١﴾

102. Kiel vi povas miskredi kvankam la signoj de Allah estis montritaj al vi kaj Lia sendito estas inter vi? Kiu tenos sin al Allah, vere tiu estos gvidata, tiu estos sur la rekta vojo.

وَكَيۡفَ تَكۡفُرُوۡنَ وَاَنۡتُمۡ تُتۡلٰى عَلَيۡكُمۡ اٰيٰتُ اللّٰهِ وَ
فِيۡكُمۡ رَسُوۡلُهٗ ؕ وَمَنۡ يَّعۡتَصِمۡ بِاللّٰهِ فَقَدۡ هُدِىَ
اِلٰى صِرَاطٍ مُّسۡتَقِيۡمٍ ﴿١٠٢﴾ ع

103. Ho vi, kredantoj! Respektegu Allah-on per konvena respekto kaj ne mortu, antaŭ ol vi estos submetiĝintaj!

يٰۤاَيُّهَا الَّذِيۡنَ اٰمَنُوا اتَّقُوا اللّٰهَ حَقَّ تُقٰتِهٖ وَلَا
تَمُوۡتُنَّ اِلَّا وَاَنۡتُمۡ مُّسۡلِمُوۡنَ ﴿١٠٣﴾

104. Tenu vin firme, ĉiuj kune, al la ŝnuro de Allah kaj ne disiĝu, kaj memoru la favorojn de Allah kontraŭ vi kiam vi estis malamikoj. Poste Li kunigis viajn korojn per Sia graco, tiel ke vi fariĝis gefratoj, kvankam vi estis ĉe la rando de fajra foso, kaj Li protektis vin de ĝi. Tiel Allah evidentigas Siajn signojn al vi, por ke vi estu gvidataj.

وَاعۡتَصِمُوۡا بِحَبۡلِ اللّٰهِ جَمِيۡعًا وَّلَا تَفَرَّقُوۡا ص
وَاذۡكُرُوۡا نِعۡمَتَ اللّٰهِ عَلَيۡكُمۡ اِذۡ كُنۡتُمۡ اَعۡدَآءً
فَاَلَّفَ بَيۡنَ قُلُوۡبِكُمۡ فَاَصۡبَحۡتُمۡ بِنِعۡمَتِهٖۤ اِخۡوَانًا ج
وَكُنۡتُمۡ عَلٰى شَفَا حُفۡرَةٍ مِّنَ النَّارِ فَاَنۡقَذَكُمۡ
مِّنۡهَا ؕ كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ اللّٰهُ لَكُمۡ اٰيٰتِهٖ لَعَلَّكُمۡ
تَهۡتَدُوۡنَ ﴿١٠٤﴾

105. Estiĝu inter vi societo, kiu instigu al la bono kaj ordonu la justecon kaj malpermesu la malbonon. Nur tiuj estos sukcesaj.

وَلۡتَكُنۡ مِّنۡكُمۡ اُمَّةٌ يَّدۡعُوۡنَ اِلَى الۡخَيۡرِ وَيَاۡمُرُوۡنَ
بِالۡمَعۡرُوۡفِ وَيَنۡهَوۡنَ عَنِ الۡمُنۡكَرِ ؕ وَاُولٰٓئِكَ هُمُ
الۡمُفۡلِحُوۡنَ ﴿١٠٥﴾

106. Ne estu kiel tiuj, kiuj malkonsentas kaj disputas, post kiam al ili venis la signoj evidentaj. Por ili estos grava puno

وَلَا تَكُوۡنُوۡا كَالَّذِيۡنَ تَفَرَّقُوۡا وَاخۡتَلَفُوۡا مِنۡۢ بَعۡدِ
مَا جَآءَهُمُ الۡبَيِّنٰتُ ؕ وَاُولٰٓئِكَ لَهُمۡ عَذَابٌ
عَظِيۡمٌ ۙ ﴿١٠٦﴾

107. en la tago, en kiu iuj vizaĝoj blankiĝos kaj aliaj vizaĝoj nigriĝos. Al tiuj, kies vizaĝoj estos nigraj, estos dirite: "Ĉu vi miskredis, post kiam vi kredis? Do gustumu la punon pro via miskredo".

يَّوۡمَ تَبۡيَضُّ وُجُوۡهٌ وَّتَسۡوَدُّ وُجُوۡهٌ ۚ فَاَمَّا الَّذِيۡنَ
اسۡوَدَّتۡ وُجُوۡهُهُمۡ ۟ اَكَفَرۡتُمۡ بَعۡدَ اِيۡمَانِكُمۡ فَذُوۡقُوا
الۡعَذَابَ بِمَا كُنۡتُمۡ تَكۡفُرُوۡنَ ﴿١٠٧﴾

108. Tiuj, kies vizaĝoj estos blankaj, estos en la graco de Allah kaj tie ili restos por ĉiam.

وَاَمَّا الَّذِيْنَ ابْيَضَّتْ وُجُوْهُهُمْ فَفِيْ رَحْمَةِ اللّٰهِ
هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿١٠٨﴾

109. Tiuj ĉi estas la revelacioj de Allah, kiujn Ni vere proklamas al vi. Allah ne volas maljustecon por la nacioj.

تِلْكَ اٰيٰتُ اللّٰهِ نَتْلُوْهَا عَلَيْكَ بِالْحَقِّ ؕ وَمَا اللّٰهُ يُرِيْدُ
ظُلْمًا لِّلْعٰلَمِيْنَ ﴿١٠٩﴾

110 Al Allah apartenas ĉio en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj al Allah ĉio revenos.

وَلِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ ؕ وَاِلَى اللّٰهِ تُرْجَعُ
الْاُمُوْرُ ﴿١١٠﴾ ع

111. Vi estas la plej bona popolo, sendita por la bono de la homaro; vi ordonas la bonon kaj malpermesas la malbonon kaj kredas je Allah. Se ankaŭ la popolo de la Skribo kredus, vere ankaŭ por ĝi estus pli bone. El ili iuj kredas, sed la plej multaj ribelas.

كُنْتُمْ خَيْرَ اُمَّةٍ اُخْرِجَتْ لِلنَّاسِ تَاْمُرُوْنَ بِالْمَعْرُوْفِ
وَتَنْهَوْنَ عَنِ الْمُنْكَرِ وَتُؤْمِنُوْنَ بِاللّٰهِ ؕ وَلَوْ اٰمَنَ
اَهْلُ الْكِتٰبِ لَكَانَ خَيْرًا لَّهُمْ ؕ مِنْهُمُ الْمُؤْمِنُوْنَ وَ
اَكْثَرُهُمُ الْفٰسِقُوْنَ ﴿١١١﴾

112. Ili ne kapablos kaŭzi grandan malutilon kontraŭ vi; se ili batalos kontraŭ vi, ili turnos siajn dorsojn. Por ili ne estos helpo.

لَنْ يَّضُرُّوْكُمْ اِلَّاۤ اَذًى ؕ وَاِنْ يُّقَاتِلُوْكُمْ يُوَلُّوْكُمُ
الْاَدْبَارَ ۟ ثُمَّ لَا يُنْصَرُوْنَ ﴿١١٢﴾

113. Sur ilin venos humiligo, kie ajn ili estos troveblaj, krom en la alianco kun Allah aŭ kun la homoj. Ili ekscitis la koleron de Allah kaj sur ilin falos la honto. Tio estas, ĉar ili rifuzis la signojn de Allah kaj maljuste mortigis la profetojn. Tio estas, ĉar ili malobeis kaj pekis.

ضُرِبَتْ عَلَيْهِمُ الذِّلَّةُ اَيْنَ مَا ثُقِفُوْۤا اِلَّا بِحَبْلٍ مِّنَ اللّٰهِ
وَحَبْلٍ مِّنَ النَّاسِ وَبَآءُوْ بِغَضَبٍ مِّنَ اللّٰهِ وَضُرِبَتْ
عَلَيْهِمُ الْمَسْكَنَةُ ؕ ذٰلِكَ بِاَنَّهُمْ كَانُوْا يَكْفُرُوْنَ بِاٰيٰتِ اللّٰهِ وَيَقْتُلُوْنَ
الْاَنْۢبِيَآءَ بِغَيْرِ حَقٍّ ؕ ذٰلِكَ بِمَا عَصَوْا وَّكَانُوْا يَعْتَدُوْنَ ﴿١١٣﴾

114. Ili ne estas ĉiuj egalaj. Inter la popolo de la Skribo estas kelkaj, kiuj respektas la aliancon: ili proklamas la vortojn de Allah en la horoj de la nokto kaj terenkuŝiĝas.

لَيْسُوْا سَوَآءً ؕ مِنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ اُمَّةٌ قَآئِمَةٌ يَّتْلُوْنَ
اٰيٰتِ اللّٰهِ اٰنَآءَ الَّيْلِ وَهُمْ يَسْجُدُوْنَ ﴿١١٤﴾

115. Ili kredas je Allah kaj al la vivo venonta, kaj ordonas la justecon kaj malpermesas la malbonon kaj konkuras reciproke pri la bono. Ili estas justuloj.

يُؤْمِنُوْنَ بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ الْاٰخِرِ وَيَاْمُرُوْنَ بِالْمَعْرُوْفِ
وَيَنْهَوْنَ عَنِ الْمُنْكَرِ وَيُسَارِعُوْنَ فِي الْخَيْرٰتِ ؕ
وَاُولٰٓئِكَ مِنَ الصّٰلِحِيْنَ ﴿١١٥﴾
وَمَا يَفْعَلُوْا مِنْ خَيْرٍ فَلَنْ يُّكْفَرُوْهُ ؕ وَاللّٰهُ عَلِيْمٌ

116. Kion ajn bonan ili faros, tio ne estos rifuzata. Allah konas la justulojn.

117. Neniom utilos al la miskredantoj iliaj propraĵoj kaj iliaj filoj kontraŭ Allah. Ili estos loĝantoj de l' fajro kaj tie ili restos por ĉiam.

118. Tio, kion ili disdonas en ĉi tiu vivo. estas kvazaŭ vento, en kiu estas glacia malvarmo; ĝi trafas la rikolton de la kampo de la popolo pekema kaj neniigas ĝin. Ili ne pekis kontraŭ Allah, sed kontraŭ si mem.

119. Ho vi, kredantoj! Ne preferu amikojn krom el via gento. Ili dezirus, ke vin trafu malfeliĉo. Jen, la malamo manifestiĝis el iliaj buŝoj, tamen tio, kion iliaj brustoj kaŝas, estas eĉ pli malbona. Ni vere klarigis al vi la pruvojn, se vi estas komprenemaj.

120. Ho vi! Vi amas ilin sed ili ne amas vin, kaj vi kredas je la tuta Libro. Kiam ili vin renkontas, ili diras: "Ni kredas", sed kiam ili estas solaj, ili de kolero mordas siajn fingrojn kontraŭ vi. Diru: "Mortu pro via furiozo! ". Vere Allah konas la internon de la brustoj!

121. Se okazas al vi io bona, ili suferas, kaj se male okazas malbono, ili ĝojas pro tio. Se vi tamen estos persistemaj kaj justaj, iliaj intrigoj neniom malutilos al vi. Allah neniigos iliajn verkojn.

122. Memoru, kiam vi frumatene lasis vian familion kaj konfidis al la kredantoj iliajn postenojn por la batalo*. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

---

* Uhud

بِالْمُتَّقِيْنَ ﴿١١٥﴾
إِنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَنْ تُغْنِيَ عَنْهُمْ أَمْوَالُهُمْ وَلَآ
أَوْلَادُهُمْ مِّنَ اللّٰهِ شَيْـًٔا ۗ وَأُولٰٓئِكَ أَصْحٰبُ النَّارِ ۚ
هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿١١٦﴾
مَثَلُ مَا يُنْفِقُوْنَ فِيْ هٰذِهِ الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا كَمَثَلِ
رِيْحٍ فِيْهَا صِرٌّ أَصَابَتْ حَرْثَ قَوْمٍ ظَلَمُوْٓا أَنْفُسَهُمْ
فَأَهْلَكَتْهُ ۗ وَمَا ظَلَمَهُمُ اللّٰهُ وَلٰكِنْ أَنْفُسَهُمْ
يَظْلِمُوْنَ ﴿١١٧﴾
يٰٓأَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَتَّخِذُوْا بِطَانَةً مِّنْ دُوْنِكُمْ
لَا يَأْلُوْنَكُمْ خَبَالًا ۗ وَدُّوْا مَا عَنِتُّمْ ۚ قَدْ بَدَتِ
الْبَغْضَآءُ مِنْ أَفْوَاهِهِمْ ۚ وَمَا تُخْفِيْ صُدُوْرُهُمْ
أَكْبَرُ ۚ قَدْ بَيَّنَّا لَكُمُ الْاٰيٰتِ إِنْ كُنْتُمْ
تَعْقِلُوْنَ ﴿١١٨﴾
هٰٓأَنْتُمْ أُولَآءِ تُحِبُّوْنَهُمْ وَلَا يُحِبُّوْنَكُمْ وَتُؤْمِنُوْنَ
بِالْكِتٰبِ كُلِّهٖ ۚ وَإِذَا لَقُوْكُمْ قَالُوْٓا اٰمَنَّا ۚ وَإِذَا خَلَوْا
عَضُّوْا عَلَيْكُمُ الْأَنَامِلَ مِنَ الْغَيْظِ ۗ قُلْ مُوْتُوْا
بِغَيْظِكُمْ ۗ إِنَّ اللّٰهَ عَلِيْمٌۢ بِذَاتِ الصُّدُوْرِ ﴿١١٩﴾
إِنْ تَمْسَسْكُمْ حَسَنَةٌ تَسُؤْهُمْ ۖ وَإِنْ تُصِبْكُمْ
سَيِّئَةٌ يَّفْرَحُوْا بِهَا ۗ وَإِنْ تَصْبِرُوْا وَتَتَّقُوْا لَا
يَضُرُّكُمْ كَيْدُهُمْ شَيْـًٔا ۗ إِنَّ اللّٰهَ بِمَا يَعْمَلُوْنَ
مُحِيْطٌ ﴿١٢٠﴾ ع ١٢ ٣
وَإِذْ غَدَوْتَ مِنْ أَهْلِكَ تُبَوِّئُ الْمُؤْمِنِيْنَ مَقَاعِدَ

123. Memoru, kiel du el via grupo malkuraĝiĝis, kvankam Allah estas ilia amiko. Je Allah konfidu la kredantoj!

124. Vere Allah helpis vin ĉe Badr, kiam vi estis malfortaj. Respektegu Allahon, por ke vi estu dankaj.

125. Memoru, kiam vi mem parolis al la kredantoj: "Ĉu ne sufiĉas al vi, ke via Sinjoro venis por helpi vin kun tri mil anĝeloj?

126. Jen! Se vi estas persistemaj kaj justaj kaj ili venas kontraŭ vin antaŭenpuŝe, tiam via Sinjoro venos por helpi vin kun kvin mil anĝeloj elektitaj.

127. Tion Allah nur dekretis kiel bonan novaĵon por vi, kaj por ke viaj koroj trankviliĝu per tio. Nur de Allah la Ĉiopova kaj la Saĝa venas helpo,

128. por fortranĉi iujn el la miskredantoj aŭ por humiligi ilin, por ke ili sensukcese reiru".

129. Ne koncernas vin, ĉu Li turnos Sin al ili aŭ punos ilin, ĉar ili estis pekemaj.

130. Kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero, apartenas al Allah. Li pardonas al kiu Li volas, kaj punas kiun Li volas. Allah estas senkulpigema, pardonema.

131. Ho vi, kredantoj! Ne nutru vin el la procentego, kiu duobligas la duoblon, sed respektegu Allahon, por ke vi estu sukcesaj.

132. Timu la fajron, kiu estas pretigita por la miskredantoj.

133. Obeu Allahon kaj la profeton, por ke estu kompato por vi.

لِلْقِتَالِ ۗ وَاللَّهُ سَمِيعٌ عَلِيمٌ ﴿١٢٢﴾
إِذْ هَمَّتْ طَائِفَتَانِ مِنْكُمْ أَنْ تَفْشَلَا وَاللَّهُ وَلِيُّهُمَا ۗ
وَعَلَى اللَّهِ فَلْيَتَوَكَّلِ الْمُؤْمِنُونَ ﴿١٢٣﴾
وَلَقَدْ نَصَرَكُمُ اللَّهُ بِبَدْرٍ وَأَنْتُمْ أَذِلَّةٌ ۖ فَاتَّقُوا
اللَّهَ لَعَلَّكُمْ تَشْكُرُونَ ﴿١٢٤﴾
إِذْ تَقُولُ لِلْمُؤْمِنِينَ أَلَنْ يَكْفِيَكُمْ أَنْ يُمِدَّكُمْ
رَبُّكُمْ بِثَلَاثَةِ آلَافٍ مِنَ الْمَلَائِكَةِ مُنْزَلِينَ ﴿١٢٥﴾
بَلَىٰ ۚ إِنْ تَصْبِرُوا وَتَتَّقُوا وَيَأْتُوكُمْ مِنْ فَوْرِهِمْ
هَٰذَا يُمْدِدْكُمْ رَبُّكُمْ بِخَمْسَةِ آلَافٍ مِنَ الْمَلَائِكَةِ
مُسَوِّمِينَ ﴿١٢٦﴾
وَمَا جَعَلَهُ اللَّهُ إِلَّا بُشْرَىٰ لَكُمْ وَلِتَطْمَئِنَّ قُلُوبُكُمْ بِهِ ۗ
وَمَا النَّصْرُ إِلَّا مِنْ عِنْدِ اللَّهِ الْعَزِيزِ الْحَكِيمِ ﴿١٢٧﴾
لِيَقْطَعَ طَرَفًا مِنَ الَّذِينَ كَفَرُوا أَوْ يَكْبِتَهُمْ فَيَنْقَلِبُوا
خَائِبِينَ ﴿١٢٨﴾
لَيْسَ لَكَ مِنَ الْأَمْرِ شَيْءٌ أَوْ يَتُوبَ عَلَيْهِمْ أَوْ يُعَذِّبَهُمْ
فَإِنَّهُمْ ظَالِمُونَ ﴿١٢٩﴾
وَلِلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ ۚ يَغْفِرُ لِمَنْ
يَشَاءُ وَيُعَذِّبُ مَنْ يَشَاءُ ۚ وَاللَّهُ غَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿١٣٠﴾ ع
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا تَأْكُلُوا الرِّبَا أَضْعَافًا مُضَاعَفَةً ۖ
وَاتَّقُوا اللَّهَ لَعَلَّكُمْ تُفْلِحُونَ ﴿١٣١﴾
وَاتَّقُوا النَّارَ الَّتِي أُعِدَّتْ لِلْكَافِرِينَ ﴿١٣٢﴾
وَأَطِيعُوا اللَّهَ وَالرَّسُولَ لَعَلَّكُمْ تُرْحَمُونَ ﴿١٣٣﴾

134. Konkuru reciproke pri la pardono de via Sinjoro kaj pri la Paradizo – kiu estas tiel vasta kiel la ĉieloj kaj la tero kune – , kiu estas pretigita por la justuloj,

135. kiuj almozdonas – aŭ en abundo aŭ en malabundo – kaj subpremas la koleron kaj pardonas al la homoj – Allah amas la bonfarantojn –

136. kaj kiuj – se ili faris ion malbonan aŭ pekon kontraŭ si mem – memoras Allahon kaj petas senkulpigon pro siaj pekoj – kiu alia povas pardoni la pekojn ol Allah? – kaj ne persistas intence en tiaj agoj.

137. Ilia rekompenco estos la pardono de ilia Sinjoro kaj ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj. Tie ili restos ĉiam: kiel estas bona la rekompenco de la bonfarantoj!

138. Antaŭe venis al vi multaj ordonoj; do iru sur la tero kaj rigardu, kiel finiĝis la negantoj!

139. Tio ĉi estas pruvo por la homoj kaj gvidilo kaj admono por la justuloj.

140. Ne laciĝu kaj ne ĉagreniĝu; vi certe venkos, se vi estas kredantoj.

141. Se vi ricevis vundon, certe la popolo miskredanta jam ricevis ankaŭ similan vundon. Tiajn tagojn Ni igas alterni por la homoj, por ke Allah rekonu la kredantojn kaj elektu el vi atestantojn – Allah ne amas la pekulojn –,

142. kaj por ke Allah purigu la kredantojn kaj neniigu la miskredantojn.

143. Ĉu vi imagas, ke vi eniros en la Paradizon, antaŭ ol Allah estos distinginta la batalintojn kaj la persistemulojn el vi?

144. Vi kutimis deziri tiun morton, antaŭ ol vi renkontis ĝin: nun vi vidis ĝin, ĉar vi atente rigardis.

---

وَسَارِعُوٓا إِلَىٰ مَغْفِرَةٍ مِّن رَّبِّكُمْ وَجَنَّةٍ عَرْضُهَا
السَّمٰوٰتُ وَالْأَرْضُ أُعِدَّتْ لِلْمُتَّقِينَ ﴿١٣٣﴾
الَّذِينَ يُنفِقُونَ فِي السَّرَّآءِ وَالضَّرَّآءِ وَالْكٰظِمِينَ
الْغَيْظَ وَالْعَافِينَ عَنِ النَّاسِ وَاللّٰهُ يُحِبُّ الْمُحْسِنِينَ ﴿١٣٤﴾
وَالَّذِينَ إِذَا فَعَلُوا فٰحِشَةً أَوْ ظَلَمُوٓا أَنفُسَهُمْ ذَكَرُوا اللّٰهَ فَاسْتَغْفَرُوا
لِذُنُوبِهِمْ وَمَن يَغْفِرُ الذُّنُوبَ إِلَّا اللّٰهُ وَلَمْ
يُصِرُّوا عَلٰى مَا فَعَلُوا وَهُمْ يَعْلَمُونَ ﴿١٣٥﴾
أُولٰٓئِكَ جَزَآؤُهُم مَّغْفِرَةٌ مِّن رَّبِّهِمْ وَجَنّٰتٌ تَجْرِي
مِن تَحْتِهَا الْأَنْهٰرُ خٰلِدِينَ فِيهَا وَنِعْمَ أَجْرُ
الْعٰمِلِينَ ﴿١٣٦﴾
قَدْ خَلَتْ مِن قَبْلِكُمْ سُنَنٌ فَسِيرُوا فِي الْأَرْضِ
فَانظُرُوا كَيْفَ كَانَ عٰقِبَةُ الْمُكَذِّبِينَ ﴿١٣٧﴾
هٰذَا بَيَانٌ لِّلنَّاسِ وَهُدًى وَمَوْعِظَةٌ لِّلْمُتَّقِينَ ﴿١٣٨﴾
وَلَا تَهِنُوا وَلَا تَحْزَنُوا وَأَنتُمُ الْأَعْلَوْنَ إِن كُنتُم
مُّؤْمِنِينَ ﴿١٣٩﴾
إِن يَمْسَسْكُمْ قَرْحٌ فَقَدْ مَسَّ الْقَوْمَ قَرْحٌ مِّثْلُهُ
وَتِلْكَ الْأَيَّامُ نُدَاوِلُهَا بَيْنَ النَّاسِ وَلِيَعْلَمَ اللّٰهُ
الَّذِينَ آمَنُوا وَيَتَّخِذَ مِنكُمْ شُهَدَآءَ وَاللّٰهُ لَا يُحِبُّ
الظّٰلِمِينَ ﴿١٤٠﴾
وَلِيُمَحِّصَ اللّٰهُ الَّذِينَ آمَنُوا وَيَمْحَقَ الْكٰفِرِينَ ﴿١٤١﴾
أَمْ حَسِبْتُمْ أَن تَدْخُلُوا الْجَنَّةَ وَلَمَّا يَعْلَمِ اللّٰهُ الَّذِينَ
جٰهَدُوا مِنكُمْ وَيَعْلَمَ الصّٰبِرِينَ ﴿١٤٢﴾

145. Mahometo estas nur sendito. Vere antaŭ li aliaj senditoj jam pasis; se li mortus aŭ estus mortigita, ĉu vi irus returne? Kiu iras returne, neniel malutilas al Allah. Allah rekompencos la dankemulojn.

146. Neniu havas la rajton morti sen la permeso de Allah – permeso kun difinita tempo. Kiu deziras la rekompencon de ĉi tiu vivo, tiu ricevos ĝin de Ni kaj, kiu deziras la rekompencon de la vivo venonta, tiu ricevos ĝin de Ni. Ni rekompencos la dankemulojn.

147. Iam estis iu profeto, kun kiu multaj trupoj batalis. Ili ne timis tion, kion ili povus renkonti batalante por la afero de Allah, kaj ili ne malfortiĝis kaj ne humiliĝis. Allah amas la persistemulojn.

148. Ili ne diris eĉ unu vorton krom: "Nia Sinjoro, pardonu al ni niajn pekojn kaj la erarojn de nia konduto kaj firmigu niajn paŝojn kaj helpu nin kontraŭ la popolo miskredanta".

149. Allah donas al ili la rekompencon en ĉi tiu vivo kaj ankaŭ belegan rekompencon en la vivo venonta. Allah amas la bonfarantojn.

150. Ho vi, kredantoj! Se vi obeos la miskredantojn, ili ordonos al vi turniĝi sur viaj kalkanoj kaj vi estos perdantoj.

151. Ne! Allah estos via protektanto. Li estas la plej bona helpanto.

152. En la korojn de la miskredantoj Ni ĵetis teruron, ĉar ili aldonis al Allah rivalojn, kvankam Li ne donis al ili la rajton fari tion. Ilia loĝejo estos la fajro; malbona estos la loĝejo de la pekuloj!

وَلَقَدْ كُنْتُمْ تَمَنَّوْنَ الْمَوْتَ مِنْ قَبْلِ اَنْ تَلْقَوْهُ
ع فَقَدْ رَاَيْتُمُوْهُ وَاَنْتُمْ تَنْظُرُوْنَ ﴿١٤٤﴾
وَمَا مُحَمَّدٌ اِلَّا رَسُوْلٌ قَدْ خَلَتْ مِنْ قَبْلِهِ الرُّسُلُ
اَفَاۡئِنْ مَّاتَ اَوْ قُتِلَ انْقَلَبْتُمْ عَلٰٓى اَعْقَابِكُمْ وَمَنْ
يَّنْقَلِبْ عَلٰى عَقِبَيْهِ فَلَنْ يَّضُرَّ اللّٰهَ شَيْـًٔا وَسَيَجْزِى
اللّٰهُ الشّٰكِرِيْنَ ﴿١٤٥﴾
وَمَا كَانَ لِنَفْسٍ اَنْ تَمُوْتَ اِلَّا بِاِذْنِ اللّٰهِ كِتٰبًا
مُّؤَجَّلًا وَمَنْ يُّرِدْ ثَوَابَ الدُّنْيَا نُؤْتِهٖ مِنْهَا
وَمَنْ يُّرِدْ ثَوَابَ الْاٰخِرَةِ نُؤْتِهٖ مِنْهَا وَسَنَجْزِى
الشّٰكِرِيْنَ ﴿١٤٦﴾
وَكَاَيِّنْ مِّنْ نَّبِىٍّ قٰتَلَ مَعَهٗ رِبِّيُّوْنَ كَثِيْرٌ فَمَا
وَهَنُوْا لِمَاۤ اَصَابَهُمْ فِىْ سَبِيْلِ اللّٰهِ وَمَا ضَعُفُوْا
وَمَا اسْتَكَانُوْا وَاللّٰهُ يُحِبُّ الصّٰبِرِيْنَ ﴿١٤٧﴾
وَمَا كَانَ قَوْلَهُمْ اِلَّاۤ اَنْ قَالُوْا رَبَّنَا اغْفِرْ لَنَا ذُنُوْبَنَا
وَاِسْرَافَنَا فِىْ اَمْرِنَا وَثَبِّتْ اَقْدَامَنَا وَانْصُرْنَا عَلَى
الْقَوْمِ الْكٰفِرِيْنَ ﴿١٤٨﴾
فَاٰتٰىهُمُ اللّٰهُ ثَوَابَ الدُّنْيَا وَحُسْنَ ثَوَابِ الْاٰخِرَةِ
ع وَاللّٰهُ يُحِبُّ الْمُحْسِنِيْنَ ﴿١٤٩﴾
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْۤا اِنْ تُطِيْعُوا الَّذِيْنَ كَفَرُوْا
يَرُدُّوْكُمْ عَلٰٓى اَعْقَابِكُمْ فَتَنْقَلِبُوْا خٰسِرِيْنَ ﴿١٥٠﴾
بَلِ اللّٰهُ مَوْلٰىكُمْ وَهُوَ خَيْرُ النّٰصِرِيْنَ ﴿١٥١﴾
سَنُلْقِىْ فِىْ قُلُوْبِ الَّذِيْنَ كَفَرُوا الرُّعْبَ بِمَاۤ اَشْرَكُوْا

153. Allah plenumis Sian promeson, kiam vi rompis ĝin –' kaj Li permesis tion – ĝis vi ŝanceliĝis kaj malkonsentis pri la ordono, kaj poste vi malobeis, kiam Li montris al vi, kion vi amis. Inter vi estas iuj, kiuj deziras ĉi tiun vivon, sed aliaj deziras la vivon venontan. Poste Li turnis Sin for de vi por elprovi vin. Certe Li jam pardonis al vi. Allah estas indulgema en Sia graco kontraŭ la kredantoj.

154. Memoru, kiam vi fuĝis kaj neniu turnis sin al la alia kaj la sendito vokis vin reen. Do Li donis al vi ĉagrenon kiel repagon por ĉagreno, por ke vi ne plendu pro tio, kion vi ĵus perdis, nek pro tio, kion vi akiris. Allah bone scias, kion vi faras.

155. Poste Li sendis al vi la pacon post la ĉagreno, dormeton, kiu trafis iujn el vi, dum la aliaj zorgis pri si mem, ĉar ili opiniis malĝuste pri Allah kaj pensis sen vera scio. Ili diris: ”Ĉu ni havos avantaĝon el ĉi tiu afero? ”. Diru: ”Ĉiuj aferoj apartenas al Allah”. Ili kaŝas en siaj memoroj tion, kion ili ne malkaŝas al vi. Ili diras: ”Se ni havus iun avantaĝon el ĉi tiu afero, ni ne estus mortigitaj ĉi tie”. Diru: ”Se vi estus restintaj en viaj domoj, certe estus elirintaj al sia morto tiuj, al kiuj estis ordonite batali”. Por ke Allah juĝu pri tio, kio estas en viaj brustoj, kaj purigu tion, kio estas en viaj koroj. Allah konas la internon de la brustoj.

156. Vere Satano faligis – pro io, kion ili faris – tiujn, kiuj turnis siajn dorsojn en la tago, en kiu koliziis la du armeoj*. Allah tamen ilin certe senkulpigis. Vere Allah estas senkulpigema, indulgema.

بِاللّٰهِ مَا لَمْ يُنَزِّلْ بِهٖ سُلْطٰنًا ۚ وَمَاْوٰىهُمُ النَّارُ ۗ
وَبِئْسَ مَثْوَى الظّٰلِمِيْنَ ﴿١٥٢﴾
وَلَقَدْ صَدَقَكُمُ اللّٰهُ وَعْدَهٗٓ اِذْ تَحُسُّوْنَهُمْ بِاِذْنِهٖ ۚ
حَتّٰٓى اِذَا فَشِلْتُمْ وَتَنَازَعْتُمْ فِى الْاَمْرِ وَعَصَيْتُمْ مِّنْۢ
بَعْدِ مَآ اَرٰىكُمْ مَّا تُحِبُّوْنَ ۗ مِنْكُمْ مَّنْ يُّرِيْدُ الدُّنْيَا
وَمِنْكُمْ مَّنْ يُّرِيْدُ الْاٰخِرَةَ ۚ ثُمَّ صَرَفَكُمْ عَنْهُمْ
لِيَبْتَلِيَكُمْ ۚ وَلَقَدْ عَفَا عَنْكُمْ ۗ وَاللّٰهُ ذُوْ فَضْلٍ
عَلَى الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٥٣﴾
اِذْ تُصْعِدُوْنَ وَلَا تَلْوٗنَ عَلٰٓى اَحَدٍ وَّالرَّسُوْلُ
يَدْعُوْكُمْ فِيْٓ اُخْرٰىكُمْ فَاَثَابَكُمْ غَمًّاۢ بِغَمٍّ لِّكَيْلَا
تَحْزَنُوْا عَلٰى مَا فَاتَكُمْ وَلَا مَآ اَصَابَكُمْ ۗ وَاللّٰهُ خَبِيْرٌۢ
بِمَا تَعْمَلُوْنَ ﴿١٥٤﴾
ثُمَّ اَنْزَلَ عَلَيْكُمْ مِّنْۢ بَعْدِ الْغَمِّ اَمَنَةً نُّعَاسًا يَّغْشٰى
طَآئِفَةً مِّنْكُمْ ۙ وَطَآئِفَةٌ قَدْ اَهَمَّتْهُمْ اَنْفُسُهُمْ
يَظُنُّوْنَ بِاللّٰهِ غَيْرَ الْحَقِّ ظَنَّ الْجَاهِلِيَّةِ ۗ يَقُوْلُوْنَ
هَلْ لَّنَا مِنَ الْاَمْرِ مِنْ شَيْءٍ ۗ قُلْ اِنَّ الْاَمْرَ كُلَّهٗ لِلّٰهِ ۗ
يُخْفُوْنَ فِيْٓ اَنْفُسِهِمْ مَّا لَا يُبْدُوْنَ لَكَ ۗ يَقُوْلُوْنَ لَوْ
كَانَ لَنَا مِنَ الْاَمْرِ شَيْءٌ مَّا قُتِلْنَا هٰهُنَا ۗ قُلْ لَّوْ
كُنْتُمْ فِيْ بُيُوْتِكُمْ لَبَرَزَ الَّذِيْنَ كُتِبَ عَلَيْهِمُ الْقَتْلُ
اِلٰى مَضَاجِعِهِمْ ۚ وَلِيَبْتَلِيَ اللّٰهُ مَا فِيْ صُدُوْرِكُمْ
وَلِيُمَحِّصَ مَا فِيْ قُلُوْبِكُمْ ۗ وَاللّٰهُ عَلِيْمٌۢ بِذَاتِ
الصُّدُوْرِ ﴿١٥٥﴾

* Uhud

إِنَّ الَّذِينَ تَوَلَّوْا مِنكُمْ يَوْمَ الْتَقَى الْجَمْعَانِ إِنَّمَا
اسْتَزَلَّهُمُ الشَّيْطَانُ بِبَعْضِ مَا كَسَبُوا ۖ وَلَقَدْ عَفَا
اللَّهُ عَنْهُمْ ۗ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ حَلِيمٌ ﴿١٥٦﴾

157. Ho vi, kredantoj! Ne estu kiel la miskredantoj, kiuj diras pri siaj fratoj, kiam ĉi tiuj trairis la landon aŭ iris al la milito: "Se ili restus kun ni, ili ne estus mortintaj aŭ mortigitaj". Tion faris Allah por estigi en iliaj koroj doloron. Allah donas vivon kaj morton. Allah vidas, kion vi faras.

يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا تَكُونُوا كَالَّذِينَ كَفَرُوا وَقَالُوا
لِإِخْوَانِهِمْ إِذَا ضَرَبُوا فِي الْأَرْضِ أَوْ كَانُوا غُزًّى لَّوْ
كَانُوا عِندَنَا مَا مَاتُوا وَمَا قُتِلُوا لِيَجْعَلَ اللَّهُ ذَٰلِكَ
حَسْرَةً فِي قُلُوبِهِمْ ۗ وَاللَّهُ يُحْيِي وَيُمِيتُ ۗ وَاللَّهُ بِمَا
تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ﴿١٥٧﴾

158. Kiam vi estos mortigitaj aŭ mortos por la afero de Allah, sciu: la pardono de Allah kaj Lia graco estas preferindaj al ĉiuj aĵoj, kiujn vi amasigas.

وَلَئِن قُتِلْتُمْ فِي سَبِيلِ اللَّهِ أَوْ مُتُّمْ لَمَغْفِرَةٌ مِّنَ
اللَّهِ وَرَحْمَةٌ خَيْرٌ مِّمَّا يَجْمَعُونَ ﴿١٥٨﴾

159. Kiam vi mortos aŭ estos mortigitaj, sciu: al Allah vi ĉiuj estos kunvenigitaj.

وَلَئِن مُّتُّمْ أَوْ قُتِلْتُمْ لَإِلَى اللَّهِ تُحْشَرُونَ ﴿١٥٩﴾

160. Per la graco de Allah vi estas malsevera kontraŭ ili; se vi estus severa, malmolkora, ili estus disiĝintaj de vi; vi do pardonu al ili kaj petu pardonon por ili kaj petu ilian konsilon pri la regado. Kiam vi tamen estos decidinta, tiam konfidu je Allah. Allah vere amas la konfidantojn.

فَبِمَا رَحْمَةٍ مِّنَ اللَّهِ لِنتَ لَهُمْ ۖ وَلَوْ كُنتَ فَظًّا
غَلِيظَ الْقَلْبِ لَانفَضُّوا مِنْ حَوْلِكَ ۖ فَاعْفُ عَنْهُمْ
وَاسْتَغْفِرْ لَهُمْ وَشَاوِرْهُمْ فِي الْأَمْرِ ۖ فَإِذَا عَزَمْتَ
فَتَوَكَّلْ عَلَى اللَّهِ ۚ إِنَّ اللَّهَ يُحِبُّ الْمُتَوَكِّلِينَ ﴿١٦٠﴾

161. Se Allah helpos vin, neniu venkos vin, sed, se Li forlasos vin, kiu helpos vin poste? Pro tio la kredantoj konfidu je Allah.

إِن يَنصُرْكُمُ اللَّهُ فَلَا غَالِبَ لَكُمْ ۖ وَإِن يَخْذُلْكُمْ
فَمَن ذَا الَّذِي يَنصُرُكُم مِّن بَعْدِهِ ۗ وَعَلَى اللَّهِ فَلْيَتَوَكَّلِ
الْمُؤْمِنُونَ ﴿١٦١﴾

162. Ne konvenas al profeto trompi Kiu trompas, tiu devas kunporti en la tago de la reviviĝo, kion li deprenis. Poste estos donite al ĉiu laŭ merito kaj ne estos por li maljusteco.

وَمَا كَانَ لِنَبِيٍّ أَن يَغُلَّ ۚ وَمَن يَغْلُلْ يَأْتِ بِمَا
غَلَّ يَوْمَ الْقِيَامَةِ ۚ ثُمَّ تُوَفَّىٰ كُلُّ نَفْسٍ مَّا كَسَبَتْ
وَهُمْ لَا يُظْلَمُونَ ﴿١٦٢﴾

أَفَمَنِ اتَّبَعَ رِضْوَانَ اللَّهِ كَمَن بَاءَ بِسَخَطٍ مِّنَ اللَّهِ

163. Ĉu tiu, kiu celas la plezuron de Allah, similas al tiu, kiu meritas la koleron de Allah kaj kies loĝejo estos la infero? Malbonega estas tiu loĝejo!

164. Por ili estas rangoj ĉe Allah kaj Allah vidas, kion ili faras.

165. Vere Allah donis al ili favoron, ĉar Li vekis inter ili senditon, kiu instruu al ili la Libron kaj la saĝon; antaŭe ili estis en evidenta erarado.

166. Kiel? Se vin trafas malfeliĉo – kaj vi jam kaŭzis la duoblon – vi demandas: "De kie venas tio?". Diru (ho sendito): "Tio venas de vi mem". Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

167. Tio, kio trafis vin en la tago, en kiu koliziis la du armeoj*, estis pro la ordono de Allah, por ke Li rekonu la kredantojn,

168. kaj por ke Li rekonu la hipokritulojn. Estis dirite al ili: "Venu, batalu por la afero de Allah kaj repuŝu la malamikon". Ili tamen respondis: "Se ni kapablus batali, ni certe sekvus vin". En tiu tago ili estis pli proksimaj al la miskredo ol al la kredo. Ili diris per siaj buŝoj tion, kio ne estis en iliaj koroj. Allah scias, kion ili kaŝas.

169. Ili diras pri siaj fratoj, dum ili restas malantaŭe: "Se ili sekvus nin, ili ne estus mortigitaj". Diru: "Repuŝu do la morton for de vi mem, se vi estas sinceraj".

170. Ne kredu, ke la mortigitoj por la afero de Allah estas mortintaj. Ne! Ili vivas apud sia Sinjoro. Ili ricevas donacojn

* Uhud

وَمَأْوٰىهُ جَهَنَّمُ ۚ وَبِئْسَ الْمَصِيْرُ ﴿١٦٣﴾
هُمْ دَرَجٰتٌ عِنْدَ اللّٰهِ ۚ وَاللّٰهُ بَصِيْرٌۢ بِمَا يَعْمَلُوْنَ ﴿١٦٤﴾
لَقَدْ مَنَّ اللّٰهُ عَلَى الْمُؤْمِنِيْنَ اِذْ بَعَثَ فِيْهِمْ رَسُوْلًا
مِّنْ اَنْفُسِهِمْ يَتْلُوْا عَلَيْهِمْ اٰيٰتِهٖ وَيُزَكِّيْهِمْ وَ
يُعَلِّمُهُمُ الْكِتٰبَ وَالْحِكْمَةَ ۚ وَاِنْ كَانُوْا مِنْ قَبْلُ
لَفِيْ ضَلٰلٍ مُّبِيْنٍ ﴿١٦٥﴾
اَوَلَمَّآ اَصَابَتْكُمْ مُّصِيْبَةٌ قَدْ اَصَبْتُمْ مِّثْلَيْهَا ۙ
قُلْتُمْ اَنّٰى هٰذَا ۗ قُلْ هُوَ مِنْ عِنْدِ اَنْفُسِكُمْ ۗ اِنَّ
اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿١٦٦﴾
وَمَآ اَصَابَكُمْ يَوْمَ الْتَقَى الْجَمْعٰنِ فَبِاِذْنِ اللّٰهِ
وَلِيَعْلَمَ الْمُؤْمِنِيْنَ ۙ ﴿١٦٧﴾
وَلِيَعْلَمَ الَّذِيْنَ نَافَقُوْا ۚ وَقِيْلَ لَهُمْ تَعَالَوْا
قَاتِلُوْا فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ اَوِ ادْفَعُوْا ۗ قَالُوْا لَوْ نَعْلَمُ قِتَالًا
لَّا اتَّبَعْنٰكُمْ ۗ هُمْ لِلْكُفْرِ يَوْمَئِذٍ اَقْرَبُ مِنْهُمْ لِلْاِيْمَانِ ۚ
يَقُوْلُوْنَ بِاَفْوَاهِهِمْ مَّا لَيْسَ فِيْ قُلُوْبِهِمْ ۗ وَاللّٰهُ
اَعْلَمُ بِمَا يَكْتُمُوْنَ ﴿١٦٨﴾
اَلَّذِيْنَ قَالُوْا لِاِخْوَانِهِمْ وَقَعَدُوْا لَوْ اَطَاعُوْنَا مَا
قُتِلُوْا ۗ قُلْ فَادْرَءُوْا عَنْ اَنْفُسِكُمُ الْمَوْتَ اِنْ كُنْتُمْ
صٰدِقِيْنَ ﴿١٦٩﴾
وَلَا تَحْسَبَنَّ الَّذِيْنَ قُتِلُوْا فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ اَمْوَاتًا ۗ بَلْ
اَحْيَآءٌ عِنْدَ رَبِّهِمْ يُرْزَقُوْنَ ۙ ﴿١٧٠﴾
فَرِحِيْنَ بِمَآ اٰتٰىهُمُ اللّٰهُ مِنْ فَضْلِهٖ ۙ وَيَسْتَبْشِرُوْنَ بِالَّذِيْنَ

171. kaj estas feliĉaj pro tio, kion donas al ili Allah el Sia graco, kaj plenaj je ĝojo pro tiuj, kiuj sekvas ilin, sed ankoraŭ ne atingis ilin, ĉar por ili plu ne estos timo nek malgajeco.

172. Ili estas plenaj je ĝojo pro la favoro de Allah kaj pro Lia graco kaj ĉar Allah ne forgesas la rekompencon por la kredantoj,

173. kiuj sekvas la vokon de Allah kaj de la sendito, kiam ili estas vunditaj – granda rekompenco estos por tiuj, kiuj bonfaras kaj agas juste –,

174. al kiuj la homoj diras: "Vere grupiĝis ĉirkaŭ vi homoj, do timu ilin". Tio tamen nur fortigas ilian kredon kaj ili diras: "Allah sufiĉas al ni kaj bonega estas nia Protektanto".

175. Ili revenis kun la favoro kaj kun la graco de Allah, kaj malfeliĉo ne tuŝis ilin, kaj ili celis nur la plezuron de Allah. Allah estas la Donanto de granda graco.

176. Vere estas Satano tiu, kiu teruras siajn amikojn, do ne timu ilin, sed respektegu Min, se vi estas kredantoj.

177. Ne malgajiĝu pro tiuj, kiuj subfalis al la miskredo; vere ili neniel malutilos Allahon. Allah ne permesos, ke ili partoprenu je la vivo venonta, kaj por ili estos terura turmento.

178. Vere, kiuj aĉetis miskredon kontraŭ kredo, tiuj neniel malutilos Allahon, kaj por ili estos dolora puno.

179. Ne imagu la miskredantoj, ke la prokrasto estas por ilia avantaĝo: la prokrasto, kiun Mi konsentis, nur efikas por la pliigo de ilia kulpo. Por ili estos puno humiliga.

لَمْ يَلْحَقُوا بِهِمْ مِّنْ خَلْفِهِمْ ۙ أَلَّا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ
يَحْزَنُونَ ﴿١٧١﴾
يَسْتَبْشِرُونَ بِنِعْمَةٍ مِّنَ اللَّهِ وَفَضْلٍ ۙ وَأَنَّ اللَّهَ لَا يُضِيعُ
أَجْرَ الْمُؤْمِنِينَ ﴿١٧٢﴾ ع
الَّذِينَ اسْتَجَابُوا لِلَّهِ وَالرَّسُولِ مِنْ بَعْدِ مَا أَصَابَهُمُ
الْقَرْحُ ۚ لِلَّذِينَ أَحْسَنُوا مِنْهُمْ وَاتَّقَوْا أَجْرٌ عَظِيمٌ ﴿١٧٣﴾
الَّذِينَ قَالَ لَهُمُ النَّاسُ إِنَّ النَّاسَ قَدْ جَمَعُوا لَكُمْ
فَاخْشَوْهُمْ فَزَادَهُمْ إِيمَانًا ۖ وَقَالُوا حَسْبُنَا اللَّهُ
وَنِعْمَ الْوَكِيلُ ﴿١٧٤﴾
فَانْقَلَبُوا بِنِعْمَةٍ مِّنَ اللَّهِ وَفَضْلٍ لَّمْ يَمْسَسْهُمْ سُوءٌ
وَاتَّبَعُوا رِضْوَانَ اللَّهِ ۗ وَاللَّهُ ذُو فَضْلٍ عَظِيمٍ ﴿١٧٥﴾
إِنَّمَا ذَٰلِكُمُ الشَّيْطَانُ يُخَوِّفُ أَوْلِيَاءَهُ فَلَا تَخَافُوهُمْ
وَخَافُونِ إِنْ كُنْتُمْ مُّؤْمِنِينَ ﴿١٧٦﴾
وَلَا يَحْزُنْكَ الَّذِينَ يُسَارِعُونَ فِي الْكُفْرِ ۚ إِنَّهُمْ لَنْ
يَضُرُّوا اللَّهَ شَيْئًا ۗ يُرِيدُ اللَّهُ أَلَّا يَجْعَلَ لَهُمْ حَظًّا فِي
الْآخِرَةِ ۖ وَلَهُمْ عَذَابٌ عَظِيمٌ ﴿١٧٧﴾
إِنَّ الَّذِينَ اشْتَرَوُا الْكُفْرَ بِالْإِيمَانِ لَنْ يَضُرُّوا اللَّهَ
شَيْئًا ۚ وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٧٨﴾
وَلَا يَحْسَبَنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا أَنَّمَا نُمْلِي لَهُمْ خَيْرٌ لِّأَنْفُسِهِمْ ۚ
إِنَّمَا نُمْلِي لَهُمْ لِيَزْدَادُوا إِثْمًا ۚ وَلَهُمْ عَذَابٌ
مُّهِينٌ ﴿١٧٩﴾
مَا كَانَ اللَّهُ لِيَذَرَ الْمُؤْمِنِينَ عَلَىٰ مَا أَنْتُمْ عَلَيْهِ

180. Allah ne estus lasinta la kredantojn en la kondiĉo, en kiu estas vi, ĝis Li distingis la malbonulojn disde la bonuloj, kaj neniam Allah estus volinta malkaŝi al vi la Nevideblaĵon, sed Allah elektas el Siaj senditoj, kiun Li volas. Do kredu je Allah kaj al Liaj senditoj. Se vi kredos kaj estos justaj, por vi estos granda rekompenco.

حَتّٰى يَمِيْزَ الْخَبِيْثَ مِنَ الطَّيِّبِ ۗ وَمَا كَانَ اللّٰهُ لِيُطْلِعَكُمْ
عَلَى الْغَيْبِ وَلٰكِنَّ اللّٰهَ يَجْتَبِيْ مِنْ رُّسُلِهٖ مَنْ يَّشَآءُ ۖ
فَاٰمِنُوْا بِاللّٰهِ وَرُسُلِهٖ ۚ وَاِنْ تُؤْمِنُوْا وَتَتَّقُوْا فَلَكُمْ اَجْرٌ
عَظِيْمٌ ﴿١٨٠﴾

181. Ne imagu la homoj, kiuj estas avaraj je tio, kion Allah donis al ili el Sia graco, ke tio estas bona por ili. Ne! Tio estas malbonega. En la tago de la reviviĝo ĝi estos trudita al ili kvazaŭ peza punjugo. Al Allah apartenas la heredaĵo de la ĉieloj kaj de la tero. Allah atente observas, kion vi faras.

وَلَا يَحْسَبَنَّ الَّذِيْنَ يَبْخَلُوْنَ بِمَآ اٰتٰهُمُ اللّٰهُ مِنْ فَضْلِهٖ
هُوَ خَيْرًا لَّهُمْ ۭ بَلْ هُوَ شَرٌّ لَّهُمْ ۭ سَيُطَوَّقُوْنَ مَا بَخِلُوْا بِهٖ
يَوْمَ الْقِيٰمَةِ ۭ وَلِلّٰهِ مِيْرَاثُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۭ وَاللّٰهُ بِمَا
تَعْمَلُوْنَ خَبِيْرٌ ﴿١٨١﴾ ع

182. Certe Allah aŭdas la parolon de tiuj, kiuj diras: "Vere Allah estas malriĉa, kaj ni estas riĉaj". Ni fiksos skribe, kion ili diras kaj iliajn provojn mortigi maljuste la profetojn. Ni diros: "Gustumu la punon de la brulado! ".

لَقَدْ سَمِعَ اللّٰهُ قَوْلَ الَّذِيْنَ قَالُوْٓا اِنَّ اللّٰهَ فَقِيْرٌ وَّ
نَحْنُ اَغْنِيَآءُ ۘ سَنَكْتُبُ مَا قَالُوْا وَقَتْلَهُمُ الْاَنْۢبِيَآءَ
بِغَيْرِ حَقٍّ ۙ وَّنَقُوْلُ ذُوْقُوْا عَذَابَ الْحَرِيْقِ ﴿١٨٢﴾

183. Tio estas pro la agado de viaj manoj. Sciu, ke Allah ne estas maljusta kontraŭ la servantoj.

ذٰلِكَ بِمَا قَدَّمَتْ اَيْدِيْكُمْ وَاَنَّ اللّٰهَ لَيْسَ بِظَلَّامٍ
لِّلْعَبِيْدِ ﴿١٨٣﴾

184. Al tiuj, kiuj diras: "Vere Allah ordonis al ni, ke ni ne kredu al iu ajn sendito, antaŭ ol li proponos oferaĵon, kiu estu nutraĵo de l' fajro", vi diru: "Jam antaŭ ol mi, venis al vi senditoj kun pruvoj evidentaj kaj kun tio, kion vi mencias. Kial vi provis mortigi ilin, se vi estas sinceraj? ".

اَلَّذِيْنَ قَالُوْٓا اِنَّ اللّٰهَ عَهِدَ اِلَيْنَآ اَلَّا نُؤْمِنَ لِرَسُوْلٍ
حَتّٰى يَاْتِيَنَا بِقُرْبَانٍ تَاْكُلُهُ النَّارُ ۭ قُلْ قَدْ جَآءَكُمْ
رُسُلٌ مِّنْ قَبْلِيْ بِالْبَيِّنٰتِ وَبِالَّذِيْ قُلْتُمْ فَلِمَ قَتَلْتُمُوْهُمْ
اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿١٨٤﴾

185. Se ili kulpigas vin pri mensogo, vere ankaŭ estis kulpigitaj pri mensogo simile ĉiuj senditoj antaŭaj al vi, kiuj venis kun pruvoj evidentaj kaj kun skriboj de saĝeco kaj kun la Libro lumiganta.

فَاِنْ كَذَّبُوْكَ فَقَدْ كُذِّبَ رُسُلٌ مِّنْ قَبْلِكَ جَآءُوْ
بِالْبَيِّنٰتِ وَالزُّبُرِ وَالْكِتٰبِ الْمُنِيْرِ ﴿١٨٥﴾

كُلُّ نَفْسٍ ذَآئِقَةُ الْمَوْتِ ۭ وَاِنَّمَا تُوَفَّوْنَ اُجُوْرَكُمْ
يَوْمَ الْقِيٰمَةِ ۭ فَمَنْ زُحْزِحَ عَنِ النَّارِ وَاُدْخِلَ الْجَنَّةَ
فَقَدْ فَازَ ۭ وَمَا الْحَيٰوةُ الدُّنْيَآ اِلَّا مَتَاعُ الْغُرُوْرِ ﴿١٨٦﴾

186. Ĉiu homo gustumos la morton kaj vi ricevos vian rekompencon en la tago de la reviviĝo. Kiu do estas eltirita el la fajro kaj kondukita al la ĝardeno, tiu vere estos atinginta sian celon. Ĉi tiu vivo estas nur trompa plezuro.

لَتُبْلَوُنَّ فِي أَمْوَالِكُمْ وَأَنْفُسِكُمْ وَلَتَسْمَعُنَّ مِنَ الَّذِينَ
أُوتُوا الْكِتَابَ مِنْ قَبْلِكُمْ وَمِنَ الَّذِينَ أَشْرَكُوا أَذًى
كَثِيرًا وَإِنْ تَصْبِرُوا وَتَتَّقُوا فَإِنَّ ذَٰلِكَ مِنْ عَزْمِ
الْأُمُورِ ﴿١٨٦﴾

187. Vi estos certe elprovataj en viaj havaĵoj kaj en viaj personoj, kaj vi certe aŭdos multajn ofendojn de tiuj, kiuj antaŭ vi ricevis la Skribon, kaj de la idolanoj. Se vi tamen estos persistaj kaj justaj, vere tia estas la ĝusta konduto en la vivo.

وَإِذْ أَخَذَ اللَّهُ مِيثَاقَ الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَابَ لَتُبَيِّنُنَّهُ
لِلنَّاسِ وَلَا تَكْتُمُونَهُ فَنَبَذُوهُ وَرَاءَ ظُهُورِهِمْ
وَاشْتَرَوْا بِهِ ثَمَنًا قَلِيلًا فَبِئْسَ مَا يَشْتَرُونَ ﴿١٨٧﴾

188. Memoru, kiam Allah faris aliancon kun la ricevintoj de la Skribo: "Malkaŝu ĝin al la homaro, ne kaŝu ĝin! ". Ili tamen ĵetis ĝin malantaŭ siajn dorsojn kaj vendis ĝin por malalta prezo. Malbona estas tio, kion ili aĉetis!

لَا تَحْسَبَنَّ الَّذِينَ يَفْرَحُونَ بِمَا أَتَوْا وَيُحِبُّونَ أَنْ
يُحْمَدُوا بِمَا لَمْ يَفْعَلُوا فَلَا تَحْسَبَنَّهُمْ بِمَفَازَةٍ مِنَ
الْعَذَابِ وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٨٨﴾

189. Ne imagu, ke tiuj, kiuj ĝojas pro siaj agoj kaj deziras esti laŭdataj pro tio, kion ili ne faris – ne imagu, ke ili estos sekuraj de la puno. Por ili estos dolora puno.

وَلِلَّهِ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَاللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيرٌ ﴿١٨٩﴾ ١٩ ع ١٠

190. De Allah estas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

إِنَّ فِي خَلْقِ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَاخْتِلَافِ اللَّيْلِ
وَالنَّهَارِ لَآيَاتٍ لِأُولِي الْأَلْبَابِ ﴿١٩٠﴾

191. Vere en la kreo de la ĉieloj kaj de la tero kaj en la alternado de la nokto kaj de la tago estas signoj por la prudentuloj,

الَّذِينَ يَذْكُرُونَ اللَّهَ قِيَامًا وَقُعُودًا وَعَلَىٰ جُنُوبِهِمْ
وَيَتَفَكَّرُونَ فِي خَلْقِ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ رَبَّنَا مَا
خَلَقْتَ هَٰذَا بَاطِلًا سُبْحَانَكَ فَقِنَا عَذَابَ النَّارِ ﴿١٩١﴾

192. kiuj memoras Allahon starante aŭ kuŝante surflanke, kaj pripensas pri la kreo de la ĉieloj kaj de la tero: "Sinjoro, ne vane Vi kreis tion, Vi estas sankta, savu nin de la puno de l' fajro! ".

رَبَّنَا إِنَّكَ مَنْ تُدْخِلِ النَّارَ فَقَدْ أَخْزَيْتَهُ وَمَا
لِلظَّالِمِينَ مِنْ أَنْصَارٍ ﴿١٩٢﴾

193. Nia Sinjoro, tiun, kiun Vi puŝas en la fajron, vere Vi hontigis. La pekuloj ne havos helpanton.

رَبَّنَا إِنَّنَا سَمِعْنَا مُنَادِيًا يُنَادِي لِلْإِيمَانِ أَنْ آمِنُوا
بِرَبِّكُمْ فَآمَنَّا رَبَّنَا فَاغْفِرْ لَنَا ذُنُوبَنَا وَكَفِّرْ عَنَّا
سَيِّئَاتِنَا وَتَوَفَّنَا مَعَ الْأَبْرَارِ ﴿١٩٣﴾

194. Nia Sinjoro, ni vere aŭdis iun vokanton al la kredo: "Kredu je via Sinjoro" kaj ni kredis. Nia Sinjoro, pardonu al ni niajn pekojn kaj forigu niajn erarojn kaj aligu nin – kiam ni mortos – al la justuloj.

195. Nia Sinjoro, donu al ni, kion vi promesis per viaj senditoj, kaj ne hontigu nin en la tago de la reviviĝo. Vere, Vi ne rompas la promeson.

196. Respondis al ili ilia Sinjoro: "Vere Mi ne permesos, ke vaniĝu la faro de la farantoj, el vi, aŭ viro aŭ virino. Ĉiu devenas de la alia. Kaj rilate al tiuj, kiuj elmigris kaj kiuj estis forpelitaj de siaj domoj kaj estis persekutitaj pro Mia afero kaj batalis kaj estis mortigitaj, Mi vere forprenos de ili iliajn erarojn kaj kondukos ilin en la ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj: tio estos la rekompenco de Allah. Ĉe Allah estos belega rekompenco.

197. Ne trompu vin la prospera komerco de la miskredantoj:

198. tio estas malgranda gajno; poste ilia loĝejo estos la infero; kiom malbonega restadejo!

199. Por tiuj tamen, kiuj respektegas sian Sinjoron, estos ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj; tie ili restos por ĉiam; tio estos la donaco de Allah; kaj tio, kio estas ĉe Allah, estas multe pli bona por la justuloj.

200. Certe estas inter la popolo de la Skribo iuj, kiuj kredas je Allah kaj je tio, kio estis sendita al vi, kaj je tio, kio estis sendita al ili mem, humiluloj antaŭ Allah. Ili ne vendas la signojn de Allah por malalta prezo. Por ili estos rekompenco de ilia Sinjoro. Vere Allah estas rapida je l' juĝo!

201. Ho vi, kredantoj! Estu persistemaj kaj konkuru en persistemo kaj estu viglaj kaj respektegu Allahon, por ke vi estu sukcesaj!

رَبَّنَا وَاٰتِنَا مَا وَعَدْتَّنَا عَلٰى رُسُلِكَ وَلَا تُخْزِنَا يَوْمَ
الْقِيٰمَةِ ۗ اِنَّكَ لَا تُخْلِفُ الْمِيْعَادَ ﴿١٩٥﴾
فَاسْتَجَابَ لَهُمْ رَبُّهُمْ اَنِّيْ لَآ اُضِيْعُ عَمَلَ عَامِلٍ
مِّنْكُمْ مِّنْ ذَكَرٍ اَوْ اُنْثٰى ۚ بَعْضُكُمْ مِّنْ بَعْضٍ ۚ فَالَّذِيْنَ
هَاجَرُوْا وَاُخْرِجُوْا مِنْ دِيَارِهِمْ وَاُوْذُوْا فِيْ سَبِيْلِيْ
وَقٰتَلُوْا وَقُتِلُوْا لَاُكَفِّرَنَّ عَنْهُمْ سَيِّاٰتِهِمْ وَلَاُدْخِلَنَّهُمْ
جَنّٰتٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ ۚ ثَوَابًا مِّنْ عِنْدِ
اللّٰهِ ۗ وَاللّٰهُ عِنْدَهٗ حُسْنُ الثَّوَابِ ﴿١٩٦﴾
لَا يَغُرَّنَّكَ تَقَلُّبُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا فِي الْبِلَادِ ۗ ﴿١٩٧﴾
مَتَاعٌ قَلِيْلٌ ۟ ثُمَّ مَاْوٰىهُمْ جَهَنَّمُ ۗ وَبِئْسَ الْمِهَادُ ﴿١٩٨﴾
لٰكِنِ الَّذِيْنَ اتَّقَوْا رَبَّهُمْ لَهُمْ جَنّٰتٌ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا
الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا نُزُلًا مِّنْ عِنْدِ اللّٰهِ ۗ وَمَا عِنْدَ
اللّٰهِ خَيْرٌ لِّلْاَبْرَارِ ﴿١٩٩﴾
وَاِنَّ مِنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ لَمَنْ يُّؤْمِنُ بِاللّٰهِ وَمَآ اُنْزِلَ
اِلَيْكُمْ وَمَآ اُنْزِلَ اِلَيْهِمْ خٰشِعِيْنَ لِلّٰهِ ۙ لَا يَشْتَرُوْنَ
بِاٰيٰتِ اللّٰهِ ثَمَنًا قَلِيْلًا ۗ اُولٰٓئِكَ لَهُمْ اَجْرُهُمْ عِنْدَ
رَبِّهِمْ ۗ اِنَّ اللّٰهَ سَرِيْعُ الْحِسَابِ ﴿٢٠٠﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوا اصْبِرُوْا وَصَابِرُوْا وَرَابِطُوْا ۟
وَاتَّقُوا اللّٰهَ لَعَلَّكُمْ تُفْلِحُوْنَ ﴿٢٠١﴾

# سُورَةُ النِّسَاءِ مَدَنِيَّةٌ (٤)

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho vi, homoj, respektegu vian Sinjoron, kiu kreis vin el unu estaĵo; el tiu Li kreis lian kunulinon kaj igis ambaŭ naski multajn virojn kaj virinojn; kaj respektegu Allahon, per kies nomo vi reciproke petas favorojn, kaj respektu viajn patrinojn. Vere Allah gardas vin.

3. Donu iliajn propraĵojn al la orfoj kaj ne miksu viajn malbonajn havaĵojn kun iliaj bonaj. Ne konsumu iliajn propraĵojn kune kun viaj. Tio vere estus grava peko.

4. Se vi timas, ke vi ne kapablos agi juste kontraŭ la orfoj, tiam edziĝu al virinoj, kiuj plaĉas al vi, du aŭ tri aŭ kvar*; se vi tamen timas, ke vi ne kapablos agi juste, tiam nur unu aŭ nur tiun, kiun posedas via mano dekstra**. Tiel vi povos eviti la maljustecon.

5. Donu volonte al la virinoj iliajn dotojn; se ili tamen forlasos ion por vi, tiam ĝuu tion agrable kaj trankvile.

6. Ne donu al la stultuloj la havaĵojn, kiujn Allah donis al vi por via vivteno; male, nutru ilin el tiuj havaĵoj kaj vestu ilin kaj parolu al ili per konvenaj vortoj.

* En ĉi tiu verso estas fiksita la principo de la poligamio: permeso edziĝi al maksimume kvar virinoj, kaj tio precipe kiel ilo por forigi maljustecon kontraŭ la orfoj, kiuj estis tre multenombraj post la militoj.

** sklavinon

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
يٰٓاَيُّهَا النَّاسُ اتَّقُوْا رَبَّكُمُ الَّذِيْ خَلَقَكُمْ مِّنْ نَّفْسٍ
وَّاحِدَةٍ وَّخَلَقَ مِنْهَا زَوْجَهَا وَبَثَّ مِنْهُمَا رِجَالًا كَثِيْرًا
وَّنِسَآءً ۚ وَاتَّقُوا اللّٰهَ الَّذِيْ تَسَآءَلُوْنَ بِهٖ وَالْاَرْحَامَ ؕ
اِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَلَيْكُمْ رَقِيْبًا ②
وَاٰتُوا الْيَتٰمٰٓى اَمْوَالَهُمْ وَلَا تَتَبَدَّلُوا الْخَبِيْثَ بِالطَّيِّبِ ۪
وَلَا تَاْكُلُوْٓا اَمْوَالَهُمْ اِلٰٓى اَمْوَالِكُمْ ؕ اِنَّهٗ كَانَ حُوْبًا
كَبِيْرًا ③
وَاِنْ خِفْتُمْ اَلَّا تُقْسِطُوْا فِي الْيَتٰمٰى فَانْكِحُوْا مَا طَابَ
لَكُمْ مِّنَ النِّسَآءِ مَثْنٰى وَثُلٰثَ وَرُبٰعَ ۚ فَاِنْ خِفْتُمْ
اَلَّا تَعْدِلُوْا فَوَاحِدَةً اَوْ مَا مَلَكَتْ اَيْمَانُكُمْ ؕ ذٰلِكَ
اَدْنٰٓى اَلَّا تَعُوْلُوْا ؕ ④
وَاٰتُوا النِّسَآءَ صَدُقٰتِهِنَّ نِحْلَةً ؕ فَاِنْ طِبْنَ لَكُمْ
عَنْ شَيْءٍ مِّنْهُ نَفْسًا فَكُلُوْهُ هَنِيْٓـًٔا مَّرِيْٓـًٔا ⑤
وَلَا تُؤْتُوا السُّفَهَآءَ اَمْوَالَكُمُ الَّتِيْ جَعَلَ اللّٰهُ لَكُمْ
قِيٰمًا وَّارْزُقُوْهُمْ فِيْهَا وَاكْسُوْهُمْ وَقُوْلُوْا لَهُمْ
قَوْلًا مَّعْرُوْفًا ⑥
وَابْتَلُوا الْيَتٰمٰى حَتّٰٓى اِذَا بَلَغُوا النِّكَاحَ ۚ فَاِنْ اٰنَسْتُمْ
مِّنْهُمْ رُشْدًا فَادْفَعُوْٓا اِلَيْهِمْ اَمْوَالَهُمْ ۚ وَلَا تَاْكُلُوْهَآ

7. Elprovu la orfojn, ĝis ili estos edzigeblaj, sed kiam vi perceptos, ke ili jam estas plenaĝaj, tiam redonu al ili iliajn propraĵojn kaj ne konsumu tiujn vi mem malŝpareme kaj rapide, ĉar ili estas plenkreskaj; kiu estas riĉa, tiu forlasu tute; kiu estas malriĉa, tiu uzu tiujn laŭ justeco; kiam vi redonas la propraĵojn al ili, tiam prenu atestantojn en ilia ĉeesto. Allah sufiĉas por la juĝo.

8. Al la viroj apartenas parto de tio, kion postlasas la gepatroj kaj la parencoj, kaj al la virinoj ankaŭ parto de tio, kion postlasas la gepatroj kaj la parencoj – ĉu multe aŭ malmulte –, difinita parto.

9. Se poste partoprenas aliaj parencoj kaj orfoj aŭ malriĉuloj je la heredaĵo, tiam donu al ili iom da tio kaj diru al ili konvenajn vortojn.

10. Timu tiuj, kiuj postlasas malfortajn idojn, se ili havas zorgojn pri ili: ili respektegu Allahon kaj diru justajn vortojn.

11. Tiuj, kiuj maljuste uzas por si mem la propraĵojn de la orfoj, nur plenigas siajn ventrojn per fajro, kaj ili eniros en la flamojn.

12. Allah ordonas al vi pri viaj idoj: vira ricevu la samon kiel du virinaj; se tamen estos nur virinaj, pli ol du, tiam ili ricevu du trionojn de la heredaĵo; se estas nur unu, ŝi ricevu la duonon. Por la gepatroj estu po sesono de la heredaĵo, se la mortinto havas idon; se li tamen ne havas idon kaj la gepatroj estas la heredantoj, tiam ricevu la patrino trionon; se li havas gefratojn, tiam ricevu la patrino sesonon, post kiam ĉiuj heredaj donacoj aŭ ŝuldoj estos pagitaj. El viaj gepatroj kaj idoj vi ne scias, kiu estas pli proksima al vi. Tiu estas ordono de Allah. Vere Allah estas ĉioscia, saĝa.

إِسْرَافًا وَبِدَارًا أَنْ يَكْبَرُوا ۚ وَمَنْ كَانَ غَنِيًّا فَلْيَسْتَعْفِفْ
وَمَنْ كَانَ فَقِيرًا فَلْيَأْكُلْ بِالْمَعْرُوفِ ۚ فَإِذَا دَفَعْتُمْ
إِلَيْهِمْ أَمْوَالَهُمْ فَأَشْهِدُوا عَلَيْهِمْ ۚ وَكَفَىٰ بِاللَّهِ حَسِيبًا ٧
لِلرِّجَالِ نَصِيبٌ مِمَّا تَرَكَ الْوَالِدَانِ وَالْأَقْرَبُونَ وَلِلنِّسَاءِ نَصِيبٌ مِمَّا
تَرَكَ الْوَالِدَانِ وَالْأَقْرَبُونَ مِمَّا قَلَّ مِنْهُ أَوْ كَثُرَ ۚ نَصِيبًا مَفْرُوضًا ٨
وَإِذَا حَضَرَ الْقِسْمَةَ أُولُو الْقُرْبَىٰ وَالْيَتَامَىٰ وَالْمَسَاكِينُ
فَارْزُقُوهُمْ مِنْهُ وَقُولُوا لَهُمْ قَوْلًا مَعْرُوفًا ٩
وَلْيَخْشَ الَّذِينَ لَوْ تَرَكُوا مِنْ خَلْفِهِمْ ذُرِّيَّةً ضِعَافًا
خَافُوا عَلَيْهِمْ فَلْيَتَّقُوا اللَّهَ وَلْيَقُولُوا قَوْلًا سَدِيدًا ١٠
إِنَّ الَّذِينَ يَأْكُلُونَ أَمْوَالَ الْيَتَامَىٰ ظُلْمًا إِنَّمَا يَأْكُلُونَ
فِي بُطُونِهِمْ نَارًا ۖ وَسَيَصْلَوْنَ سَعِيرًا ١١ ع
يُوصِيكُمُ اللَّهُ فِي أَوْلَادِكُمْ ۖ لِلذَّكَرِ مِثْلُ حَظِّ الْأُنْثَيَيْنِ ۚ
فَإِنْ كُنَّ نِسَاءً فَوْقَ اثْنَتَيْنِ فَلَهُنَّ ثُلُثَا مَا تَرَكَ ۖ
وَإِنْ كَانَتْ وَاحِدَةً فَلَهَا النِّصْفُ ۚ وَلِأَبَوَيْهِ لِكُلِّ
وَاحِدٍ مِنْهُمَا السُّدُسُ مِمَّا تَرَكَ إِنْ كَانَ لَهُ وَلَدٌ ۚ
فَإِنْ لَمْ يَكُنْ لَهُ وَلَدٌ وَوَرِثَهُ أَبَوَاهُ فَلِأُمِّهِ الثُّلُثُ ۚ
فَإِنْ كَانَ لَهُ إِخْوَةٌ فَلِأُمِّهِ السُّدُسُ ۚ مِنْ بَعْدِ وَصِيَّةٍ
يُوصِي بِهَا أَوْ دَيْنٍ ۗ آبَاؤُكُمْ وَأَبْنَاؤُكُمْ لَا تَدْرُونَ
أَيُّهُمْ أَقْرَبُ لَكُمْ نَفْعًا ۚ فَرِيضَةً مِنَ اللَّهِ ۗ إِنَّ اللَّهَ كَانَ
عَلِيمًا حَكِيمًا ١٢
وَلَكُمْ نِصْفُ مَا تَرَكَ أَزْوَاجُكُمْ إِنْ لَمْ يَكُنْ لَهُنَّ
وَلَدٌ ۚ فَإِنْ كَانَ لَهُنَّ وَلَدٌ فَلَكُمُ الرُّبُعُ مِمَّا تَرَكْنَ

13. Por vi estu duono de la heredaĵo de viaj edzinoj, se ili ne havas infanon; se ili tamen havas infanon, tiam vi ricevu kvaronon de la heredaĵo, post kiam ĉiuj heredaj donacoj aŭ ŝuldoj estos pagitaj; viaj edzinoj tamen ricevu kvaronon de via heredaĵo, se vi ne havas infanon; se vi male havas infanon, tiam ili ricevu okonon de via heredaĵo, post kiam ĉiuj heredaj donacoj aŭ ŝuldoj estos pagitaj; se viro aŭ virino ne havas gepatrojn nek gefilojn, sed havas fraton aŭ fratinon, tiam ricevu ili po sesonon. Se ili tamen estas pli multenombraj, tiam ili dividu inter si ĝuste unu trionon, post kiam ĉiuj heredaj donacoj aŭ ŝuldoj estos pagitaj, sen malavantaĝo por iu ajn el ili. Tiu estas la ordono de Allah. Allah estas ĉioscia, saĝa.

مِنْۢ بَعْدِ وَصِيَّةٍ يُّوْصِيْنَ بِهَآ اَوْ دَيْنٍ ۭ وَلَهُنَّ الرُّبُعُ
مِمَّا تَرَكْتُمْ اِنْ لَّمْ يَكُنْ لَّكُمْ وَلَدٌ ۚ فَاِنْ كَانَ لَكُمْ وَلَدٌ
فَلَهُنَّ الثُّمُنُ مِمَّا تَرَكْتُمْ مِّنْۢ بَعْدِ وَصِيَّةٍ تُوْصُوْنَ
بِهَآ اَوْ دَيْنٍ ۭ وَاِنْ كَانَ رَجُلٌ يُّوْرَثُ كَلٰلَةً اَوِ امْرَاَةٌ
وَّلَهٗٓ اَخٌ اَوْ اُخْتٌ فَلِكُلِّ وَاحِدٍ مِّنْهُمَا السُّدُسُ ۚ فَاِنْ
كَانُوْٓا اَكْثَرَ مِنْ ذٰلِكَ فَهُمْ شُرَكَاۗءُ فِي الثُّلُثِ مِنْۢ
بَعْدِ وَصِيَّةٍ يُّوْصٰى بِهَآ اَوْ دَيْنٍ ۙ غَيْرَ مُضَاۗرٍّ ۚ وَصِيَّةً
مِّنَ اللّٰهِ ۭ وَاللّٰهُ عَلِيْمٌ حَلِيْمٌ ﴿١٣﴾

14. Tiuj estas la limoj de Allah; tiun, kiu obeas Allahon kaj Lian senditon, Li kondukos en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj; tie li restos por ĉiam, kaj tio estas granda feliĉo.

تِلْكَ حُدُوْدُ اللّٰهِ ۭ وَمَنْ يُّطِعِ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ يُدْخِلْهُ
جَنّٰتٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ۭ وَ
ذٰلِكَ الْفَوْزُ الْعَظِيْمُ ﴿١٤﴾

15. Tiun, kiu male rifuzas obei Allahon kaj Lian senditon kaj transpaŝas Liajn limojn, Li kondukos en la fajron, kie li restos por ĉiam. Por li estos hontiga puno.

وَمَنْ يَّعْصِ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ وَيَتَعَدَّ حُدُوْدَهٗ يُدْخِلْهُ
نَارًا خَالِدًا فِيْهَا ۠ وَلَهٗ عَذَابٌ مُّهِيْنٌ ﴿١٥﴾ ع ١٢

16. Se iu el viaj virinoj plenumos hontindaĵojn, estu vokitaj kvar atestantoj el vi; se ĉi tiuj atestos, tiam vi fermu la kulpulinon en la domo, ĝis ŝin atingos la morto aŭ Allah estigos rimedon por ŝi.

وَالّٰتِيْ يَاْتِيْنَ الْفَاحِشَةَ مِنْ نِّسَاۗىِٕكُمْ فَاسْتَشْهِدُوْا
عَلَيْهِنَّ اَرْبَعَةً مِّنْكُمْ ۚ فَاِنْ شَهِدُوْا فَاَمْسِكُوْهُنَّ
فِي الْبُيُوْتِ حَتّٰى يَتَوَفّٰىهُنَّ الْمَوْتُ اَوْ يَجْعَلَ اللّٰهُ
لَهُنَّ سَبِيْلًا ﴿١٦﴾

17. Se du viroj el vi plenumos tian agon, tiam punu ilin ambaŭ; se ili tamen pentos kaj pliboniĝos, tiam pardonu al ili; vere Allah estas kompatema, pardonema.

وَالَّذٰنِ يَاْتِيٰنِهَا مِنْكُمْ فَاٰذُوْهُمَا ۚ فَاِنْ تَابَا وَاَصْلَحَا
فَاَعْرِضُوْا عَنْهُمَا ۭ اِنَّ اللّٰهَ كَانَ تَوَّابًا رَّحِيْمًا ﴿١٧﴾

18. Vere la pardono de Allah estas por tiuj, kiuj nescie agas malbone kaj poste tuj pentas. Al ili turnas Sin Allah kompateme. Vere Allah estas ĉioscia, saĝa.

اِنَّمَا التَّوْبَةُ عَلَى اللّٰهِ لِلَّذِيْنَ يَعْمَلُوْنَ السُّوْۗءَ بِجَهَالَةٍ
ثُمَّ يَتُوْبُوْنَ مِنْ قَرِيْبٍ فَاُولٰۗىِٕكَ يَتُوْبُ اللّٰهُ عَلَيْهِمْ ۭ
وَكَانَ اللّٰهُ عَلِيْمًا حَكِيْمًا ﴿١٨﴾

19. La pardono ne estas por tiuj, kiuj ĉiam agas malbone ĝis la fino, kiam, se la morto alproksimiĝas al iu el ili, tiu diras: "Vere nun mi pentas", nek por tiuj, kiuj miskredante mortas. Por ili Ni pretigis doloran punon.

20. Ho vi, kredantoj! Al vi ne estas permesite heredi de virinoj kontraŭ ilia volo, nek estas al vi permesite teni ilin malrajte por preni de ili parton de tio, kion vi antaŭe donis al ili, krom se ili laŭ publika scio plenumis hontindaĵojn. Do agu juste kontraŭ ili. Se vi malŝatas ilin, jen pripensu, estas eble, ke vi malŝatas ion, en kion Allah metis grandegan bonon por vi.

21. Se vi deziros ŝanĝi edzinon kontraŭ alia, kaj vi jam donis al ŝi trezoron, ne forprenu de ŝi ion ajn; ĉu vi volus forpreni de ili per mensogo kaj evidenta peko?

22. Kiel vi povus forpreni ion ajn de ili? Vi vere fariĝis unu kun ili, kaj ili ricevis de vi firman promeson!

23. Ne edziĝu al virinoj al kiuj viaj patroj antaŭe edziĝis, krom se tio jam okazis*. Tio estas vere hontindaĵo, skandala, malbonega kutimo!

24. Estas malpermesitaj al vi viaj patrinoj kaj viaj fratinoj, la fratinoj de via patro kaj de via patrino, kaj la filinoj de viaj fratoj kaj fratinoj, viaj nutristinoj kaj laktofratinoj kaj la patrinoj de viaj edzinoj kaj la duonfilinoj – kiuj estas sub via protekto – de viaj edzinoj, kun kiuj vi jam unuiĝis (se vi tamen ankoraŭ ne unuiĝis kun ili, tiam ne estas peko por vi). Krom tio la virinoj de viaj filoj, kiuj naskiĝis de vi; same estas malpermesite samtempe posedi du fratinojn, krom se tio jam okazis. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

* Fino de la 4-a parto

* t.e.: antaŭ la revelacio de ĉi tiu malpermeso

وَلَيْسَتِ التَّوْبَةُ لِلَّذِيْنَ يَعْمَلُوْنَ السَّيِّاٰتِ حَتّٰٓى اِذَا
حَضَرَ اَحَدَهُمُ الْمَوْتُ قَالَ اِنِّيْ تُبْتُ الْـٰٔنَ وَلَا
الَّذِيْنَ يَمُوْتُوْنَ وَهُمْ كُفَّارٌ اُولٰٓئِكَ اَعْتَدْنَا
لَهُمْ عَذَابًا اَلِيْمًا ﴿١٩﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا يَحِلُّ لَكُمْ اَنْ تَرِثُوا النِّسَآءَ كَرْهًا
وَلَا تَعْضُلُوْهُنَّ لِتَذْهَبُوْا بِبَعْضِ مَآ اٰتَيْتُمُوْهُنَّ
اِلَّآ اَنْ يَّاْتِيْنَ بِفَاحِشَةٍ مُّبَيِّنَةٍ وَعَاشِرُوْهُنَّ بِالْمَعْرُوْفِ
فَاِنْ كَرِهْتُمُوْهُنَّ فَعَسٰٓى اَنْ تَكْرَهُوْا شَيْـًٔا وَّيَجْعَلَ اللّٰهُ
فِيْهِ خَيْرًا كَثِيْرًا ﴿٢٠﴾
وَاِنْ اَرَدْتُّمُ اسْتِبْدَالَ زَوْجٍ مَّكَانَ زَوْجٍ وَّ
اٰتَيْتُمْ اِحْدٰىهُنَّ قِنْطَارًا فَلَا تَاْخُذُوْا مِنْهُ شَيْـًٔا
اَتَاْخُذُوْنَهٗ بُهْتَانًا وَّاِثْمًا مُّبِيْنًا ﴿٢١﴾
وَكَيْفَ تَاْخُذُوْنَهٗ وَقَدْ اَفْضٰى بَعْضُكُمْ اِلٰى بَعْضٍ
وَّاَخَذْنَ مِنْكُمْ مِّيْثَاقًا غَلِيْظًا ﴿٢٢﴾
وَلَا تَنْكِحُوْا مَا نَكَحَ اٰبَآؤُكُمْ مِّنَ النِّسَآءِ اِلَّا مَا قَدْ
سَلَفَ اِنَّهٗ كَانَ فَاحِشَةً وَّمَقْتًا وَسَآءَ سَبِيْلًا ﴿٢٣﴾ ع
حُرِّمَتْ عَلَيْكُمْ اُمَّهٰتُكُمْ وَبَنٰتُكُمْ وَاَخَوٰتُكُمْ وَعَمّٰتُكُمْ
وَخٰلٰتُكُمْ وَبَنٰتُ الْاَخِ وَبَنٰتُ الْاُخْتِ وَاُمَّهٰتُكُمُ
الّٰتِيْٓ اَرْضَعْنَكُمْ وَاَخَوٰتُكُمْ مِّنَ الرَّضَاعَةِ وَاُمَّهٰتُ
نِسَآئِكُمْ وَرَبَآئِبُكُمُ الّٰتِيْ فِيْ حُجُوْرِكُمْ مِّنْ نِّسَآئِكُمُ
الّٰتِيْ دَخَلْتُمْ بِهِنَّ فَاِنْ لَّمْ تَكُوْنُوْا دَخَلْتُمْ بِهِنَّ فَلَا
جُنَاحَ عَلَيْكُمْ وَحَلَآئِلُ اَبْنَآئِكُمُ الَّذِيْنَ مِنْ

25. Malpermesitaj ankaŭ estas al vi virinoj, kiuj havas alian edzon, krom tiuj, kiujn posedas via mano dekstra. Tio estas dekreto de Allah por vi. Ĉiuj aliaj estas permesitaj al vi, por ke vi ilin serĉu per la iloj de viaj propraĵoj, tamen por edziĝi al ili kaj ne adulte. Pro la ĝojoj, kiujn vi ricevos de ili, donu al ili doton, kiel estas ordonite. Ne estos tamen kulpo por vi, se vi reciproke konsentos alie ol ordonite. Vere Allah estas ĉioscia, saĝa.

26. Kiu el vi ne posedos sufiĉe da propraĵoj por edziĝi al liberaj kredantaj virinoj, tiu edziĝu al tiuj, kiujn posedas lia mano dekstra, nome al kredantaj sklavinoj. Allah konas vian kredon. Ĉiu el vi estas de la alia, do edziĝu al ili se ilia gento permesas, kaj donu al ili doton laŭ justeco, se ili estas ĉastaj, ne adultas kaj ne havas amantojn kaŝe. Se tamen ili plenumos hontindaĵon, post kiam ili edziniĝis, tiam ili ricevu la duonon de la puno, kiu estas ordonita por libera virino. Tio validas por tiu el vi, kiu timas la punon. Se vi tamen estos sindetenemaj, estos eĉ pli bone por vi. Allah estas senkulpigema, pardonema.

27. Allah volas klarigi al vi tion kaj gvidi vin sur la vojojn de tiuj, kiuj estis antaŭe, kaj turni Sin al vi; Allah estas ĉioscia, saĝa.

28. Allah volas turni Sin al vi kompateme sed tiuj, kiuj sekvas la malbonajn dezirojn, volas deklini vin malproksimen de la rekta vojo.

29. Allah volas senŝarĝigi vin; fakte la homoj estis kreitaj malfortaj.

أَصْلَابِكُمْ وَأَن تَجْمَعُوا بَيْنَ الْأُخْتَيْنِ إِلَّا مَا قَدْ
سَلَفَ ۗ إِنَّ اللَّهَ كَانَ غَفُورًا رَّحِيمًا ﴿٢٤﴾
وَالْمُحْصَنَاتُ مِنَ النِّسَاءِ إِلَّا مَا مَلَكَتْ أَيْمَانُكُمْ ۖ
كِتَابَ اللَّهِ عَلَيْكُمْ ۚ وَأُحِلَّ لَكُم مَّا وَرَاءَ ذَٰلِكُمْ أَن
تَبْتَغُوا بِأَمْوَالِكُم مُّحْصِنِينَ غَيْرَ مُسَافِحِينَ ۚ فَمَا
اسْتَمْتَعْتُم بِهِ مِنْهُنَّ فَآتُوهُنَّ أُجُورَهُنَّ فَرِيضَةً ۚ
وَلَا جُنَاحَ عَلَيْكُمْ فِيمَا تَرَاضَيْتُم بِهِ مِن بَعْدِ الْفَرِيضَةِ ۚ
إِنَّ اللَّهَ كَانَ عَلِيمًا حَكِيمًا ﴿٢٥﴾
وَمَن لَّمْ يَسْتَطِعْ مِنكُمْ طَوْلًا أَن يَنكِحَ الْمُحْصَنَاتِ
الْمُؤْمِنَاتِ فَمِن مَّا مَلَكَتْ أَيْمَانُكُم مِّن فَتَيَاتِكُمُ
الْمُؤْمِنَاتِ ۚ وَاللَّهُ أَعْلَمُ بِإِيمَانِكُم ۚ بَعْضُكُم مِّن
بَعْضٍ ۚ فَانكِحُوهُنَّ بِإِذْنِ أَهْلِهِنَّ وَآتُوهُنَّ
أُجُورَهُنَّ بِالْمَعْرُوفِ مُحْصَنَاتٍ غَيْرَ مُسَافِحَاتٍ
وَلَا مُتَّخِذَاتِ أَخْدَانٍ ۚ فَإِذَا أُحْصِنَّ فَإِنْ أَتَيْنَ
بِفَاحِشَةٍ فَعَلَيْهِنَّ نِصْفُ مَا عَلَى الْمُحْصَنَاتِ مِنَ
الْعَذَابِ ۚ ذَٰلِكَ لِمَنْ خَشِيَ الْعَنَتَ مِنكُمْ ۚ وَأَن
تَصْبِرُوا خَيْرٌ لَّكُمْ ۗ وَاللَّهُ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿٢٦﴾
يُرِيدُ اللَّهُ لِيُبَيِّنَ لَكُمْ وَيَهْدِيَكُمْ سُنَنَ الَّذِينَ
مِن قَبْلِكُمْ وَيَتُوبَ عَلَيْكُمْ ۗ وَاللَّهُ عَلِيمٌ حَكِيمٌ ﴿٢٧﴾
وَاللَّهُ يُرِيدُ أَن يَتُوبَ عَلَيْكُمْ وَيُرِيدُ الَّذِينَ يَتَّبِعُونَ
الشَّهَوَاتِ أَن تَمِيلُوا مَيْلًا عَظِيمًا ﴿٢٨﴾
يُرِيدُ اللَّهُ أَن يُخَفِّفَ عَنكُمْ ۚ وَخُلِقَ الْإِنسَانُ ضَعِيفًا ﴿٢٩﴾

30. Ho vi, kredantoj! Ne formanĝu reciproke viajn propraĵojn malvirte! Vi povas komerci, konsentante unu kun la alia. Kaj ne mortigu unu la alian. Vere Allah estas pardonema al vi.

يَٰٓأَيُّهَا ٱلَّذِينَ ءَامَنُواْ لَا تَأۡكُلُوٓاْ أَمۡوَٰلَكُم بَيۡنَكُم
بِٱلۡبَٰطِلِ إِلَّآ أَن تَكُونَ تِجَٰرَةً عَن تَرَاضٖ مِّنكُمۡۚ
وَلَا تَقۡتُلُوٓاْ أَنفُسَكُمۡۚ إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ بِكُمۡ رَحِيمٗا ﴿٢٩﴾

31. Tiun, kiu tiel agas peke kaj malbonfarante, Ni puŝos en la fajron. Tio estas facila por Allah.

وَمَن يَفۡعَلۡ ذَٰلِكَ عُدۡوَٰنٗا وَظُلۡمٗا فَسَوۡفَ نُصۡلِيهِ
نَارٗاۚ وَكَانَ ذَٰلِكَ عَلَى ٱللَّهِ يَسِيرًا ﴿٣٠﴾

32. Se vi detenos vin de la plej gravaj el la malpermesitaĵoj, Ni evitos al vi la plej gravajn malfeliĉojn kaj kondukos vin al loko honora.

إِن تَجۡتَنِبُواْ كَبَآئِرَ مَا تُنۡهَوۡنَ عَنۡهُ نُكَفِّرۡ عَنكُمۡ سَيِّـَٔاتِكُمۡ
وَنُدۡخِلۡكُم مُّدۡخَلٗا كَرِيمٗا ﴿٣١﴾

33. Ne deziregu la havaĵojn, per kiuj Allah distingis iujn el vi disde la aliaj. La viroj ricevu sian parton laŭ merito, kaj la virinoj ricevu sian parton laŭ merito. Petu de Allah Lian gracon. Vere Allah bone konas ĉiujn aferojn.

وَلَا تَتَمَنَّوۡاْ مَا فَضَّلَ ٱللَّهُ بِهِۦ بَعۡضَكُمۡ عَلَىٰ بَعۡضٖۚ
لِّلرِّجَالِ نَصِيبٞ مِّمَّا ٱكۡتَسَبُواْۖ وَلِلنِّسَآءِ نَصِيبٞ مِّمَّا
ٱكۡتَسَبۡنَۚ وَسۡـَٔلُواْ ٱللَّهَ مِن فَضۡلِهِۦٓۚ إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ
بِكُلِّ شَيۡءٍ عَلِيمٗا ﴿٣٢﴾

34. Ni elektis vin heredantoj de tio, kion postlasos viaj gepatroj kaj parencoj, kaj vi donu ion al tiuj, kun kiuj vi faris rilatojn* Vere Allah atestas pri ĉiuj aferoj.

وَلِكُلّٖ جَعَلۡنَا مَوَٰلِيَ مِمَّا تَرَكَ ٱلۡوَٰلِدَانِ وَٱلۡأَقۡرَبُونَۚ
وَٱلَّذِينَ عَقَدَتۡ أَيۡمَٰنُكُمۡ فَـَٔاتُوهُمۡ نَصِيبَهُمۡۚ إِنَّ
ٱللَّهَ كَانَ عَلَىٰ كُلِّ شَيۡءٖ شَهِيدًا ﴿٣٣﴾ ع

35. La viroj respondos pri la virinoj, ĉar Allah distingis iujn disde la aliaj, kaj ĉar la viroj disdonas por la virinoj el siaj propraĵoj. Do virtaj virinoj estas la obeemaj kaj tiuj, kiuj ne malkaŝas la sekretojn de siaj edzoj, per la helpo de Allah; tiujn, pri kiuj vi supozas, ke ili malobeos, vi admonu, lasu ilin solaj en la lito kaj batu ilin. Se ili tiam obeos al vi, ne persistu en la persekuto; vere Allah estas eminenta, grandega.

ٱلرِّجَالُ قَوَّٰمُونَ عَلَى ٱلنِّسَآءِ بِمَا فَضَّلَ ٱللَّهُ بَعۡضَهُمۡ
عَلَىٰ بَعۡضٖ وَبِمَآ أَنفَقُواْ مِنۡ أَمۡوَٰلِهِمۡۚ فَٱلصَّٰلِحَٰتُ
قَٰنِتَٰتٌ حَٰفِظَٰتٞ لِّلۡغَيۡبِ بِمَا حَفِظَ ٱللَّهُۚ وَٱلَّٰتِي تَخَافُونَ
نُشُوزَهُنَّ فَعِظُوهُنَّ وَٱهۡجُرُوهُنَّ فِي ٱلۡمَضَاجِعِ
وَٱضۡرِبُوهُنَّۖ فَإِنۡ أَطَعۡنَكُمۡ فَلَا تَبۡغُواْ عَلَيۡهِنَّ
سَبِيلًاۗ إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ عَلِيّٗا كَبِيرٗا ﴿٣٤﴾

36. Se vi timas malkonsenton inter la geedzoj, tiam elektu juĝanton el lia gento kaj juĝanton el ŝia gento. Se ĉi tiuj do volas atingi paciĝon, Allah pacigos ilin ambaŭ. Vere Allah estas ĉioscia, ĉiokona.

وَإِنۡ خِفۡتُمۡ شِقَاقَ بَيۡنِهِمَا فَٱبۡعَثُواْ حَكَمٗا مِّنۡ
أَهۡلِهِۦ وَحَكَمٗا مِّنۡ أَهۡلِهَآ إِن يُرِيدَآ إِصۡلَٰحٗا يُوَفِّقِ

---

* edzoj resp. edzinoj

37. Adoru Allahon kaj ne aldonu al Li rivalojn, kaj faru bonon al viaj gepatroj kaj parencoj kaj al la orfoj kaj al la malriĉuloj kaj al la najbaro, kiu estas parenco, kaj al la najbaro, kiu estas fremdulo, al la kunulo je via flanko kaj al la vojiranto kaj al tiuj, kiujn posedas via mano dekstra. Vere Allah ne amas la fieregajn nek la fanfaronemajn,

38. kiuj estas avaraj kaj instigas la homojn al la avareco kaj kaŝas, kion Allah donis al ili per Sia graco. Ni pretigis por la miskredantoj hontigan punon,

39. kaj ankaŭ por tiuj, kiuj donas almozojn nur, por ke la homoj vidu ilin, sed ne kredas je Allah kaj al la vivo venonta, kaj por tiuj, kies kunulo estas Satano. Vere malbonega kunulo!

40. Kio okazus al ili, se ili kredus je Allah kaj al la vivo venonta, kaj disdonus tion, kion Allah donis al ili? Allah konas ilin bone.

41. Vere Allah ne faras maljustaĵon eĉ tiel malgrandan kiel polvero, kaj bonan agon Li duobligas multajn fojojn, kaj Li donas grandan rekompencon.

42. Kaj kiel estos, kiam Ni elektos el ĉiu popolo atestanton kaj vin elektos kiel atestanton kontraŭ ili?

43. En tiu tago deziros la miskredantoj kaj tiuj, kiuj estos malobeintaj la senditon, ke la tero estu ebenigita super ili*, sed ili ne kapablos kaŝi antaŭ Allah iun ajn okazintaĵon.

اللّٰهُ بَيْنَهُمَا ۗ اِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَلِيْمًا خَبِيْرًا ﴿٣٦﴾
وَاعْبُدُوا اللّٰهَ وَلَا تُشْرِكُوْا بِهٖ شَيْـًٔا وَّبِالْوَالِدَيْنِ
اِحْسَانًا وَّبِذِي الْقُرْبٰى وَالْيَتٰمٰى وَالْمَسٰكِيْنِ وَالْجَارِ
ذِي الْقُرْبٰى وَالْجَارِ الْجُنُبِ وَالصَّاحِبِ بِالْجَنْۢبِ
وَابْنِ السَّبِيْلِ ۙ وَمَا مَلَكَتْ اَيْمَانُكُمْ ۗ اِنَّ اللّٰهَ لَا يُحِبُّ
مَنْ كَانَ مُخْتَالًا فَخُوْرَا ۙ ﴿٣٧﴾
اِلَّذِيْنَ يَبْخَلُوْنَ وَيَاْمُرُوْنَ النَّاسَ بِالْبُخْلِ وَيَكْتُمُوْنَ
مَآ اٰتٰىهُمُ اللّٰهُ مِنْ فَضْلِهٖ ۗ وَاَعْتَدْنَا لِلْكٰفِرِيْنَ عَذَابًا
مُّهِيْنًا ۚ ﴿٣٨﴾
وَالَّذِيْنَ يُنْفِقُوْنَ اَمْوَالَهُمْ رِئَآءَ النَّاسِ وَلَا يُؤْمِنُوْنَ
بِاللّٰهِ وَلَا بِالْيَوْمِ الْاٰخِرِ ۗ وَمَنْ يَّكُنِ الشَّيْطٰنُ لَهٗ قَرِيْنًا
فَسَآءَ قَرِيْنًا ﴿٣٩﴾
وَمَاذَا عَلَيْهِمْ لَوْ اٰمَنُوْا بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ الْاٰخِرِ وَاَنْفَقُوْا
مِمَّا رَزَقَهُمُ اللّٰهُ ۗ وَكَانَ اللّٰهُ بِهِمْ عَلِيْمًا ﴿٤٠﴾
اِنَّ اللّٰهَ لَا يَظْلِمُ مِثْقَالَ ذَرَّةٍ ۚ وَاِنْ تَكُ حَسَنَةً
يُّضٰعِفْهَا وَيُؤْتِ مِنْ لَّدُنْهُ اَجْرًا عَظِيْمًا ﴿٤١﴾
فَكَيْفَ اِذَا جِئْنَا مِنْ كُلِّ اُمَّةٍۭ بِشَهِيْدٍ وَّجِئْنَا بِكَ
عَلٰى هٰٓؤُلَآءِ شَهِيْدًا ﴿٤٢﴾
يَوْمَئِذٍ يَّوَدُّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَعَصَوُا الرَّسُوْلَ لَوْ تُسَوّٰى
بِهِمُ الْاَرْضُ ۗ وَلَا يَكْتُمُوْنَ اللّٰهَ حَدِيْثًا ﴿٤٣﴾ ع
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَقْرَبُوا الصَّلٰوةَ وَاَنْتُمْ سُكٰرٰى
حَتّٰى تَعْلَمُوْا مَا تَقُوْلُوْنَ وَلَا جُنُبًا اِلَّا عَابِرِيْ سَبِيْلٍ

* t.e.: ke oni ne plu povu trovi ilian tombon.

44. Ho vi, kredantoj! Ne alproksimiĝu al la preĝo, se vi estas ebriaj; detenu vin, ĝis vi komprenos, kion vi parolas; ne alproksimiĝu al la preĝo malpuraj, – krom en vojaĝo, – ĝis vi estos puriĝintaj. Se vi estas malsanaj aŭ en vojaĝo aŭ iu el vi venas de la necesejo aŭ vi ĵus unuiĝis kun viaj virinoj kaj vi ne trovas akvon, tiam prenu puran sablon, frotu per ĝi vian vizaĝon kaj viajn manojn. Vere Allah estas kompatema, senkulpigema.

45. Ĉu vi ne vidis tiujn, al kiuj estis donita porcio de la Libro? Ili aĉetas la eraradon por si kaj deziras, ke ankaŭ vi eliru el la ĝusta vojo.

46. Allah plej bone konas viajn malamikojn; Allah sufiĉas kiel amiko kaj Allah sufiĉas kiel helpanto.

47. Inter la Judoj estas iuj, kiuj distordas la Parolon el ĝia senco kaj diras: ”Ni aŭdas, sed ni malobeos” kaj ”aŭdu ne estante aŭdata! ” kaj ”ra'enā* bonvole! ”. Tiel ili distordas la Parolon kaj kalumnias la religion. Se ili estus dirintaj: ”Ni aŭdas kaj obeas” kaj ”aŭdu! ” kaj ”unzurnā! ” estus pli bone kaj juste por ili. Tamen Allah malbenis ilin pro ilia miskredo; ili vere kredas tre malmulte.

48. Ho vi, al kiuj estis donita la Skribo! Kredu je tio, kion Ni sendis kiel plenumiĝon de tio, kio jam estis ĉe vi, antaŭ ol Ni neniigos la estrojn kaj turnos ilin sur iliajn dorsojn aŭ malbenos ilin, kiel Ni malbenis la genton de la sabato. La ordono de Allah plenumiĝos.

49. Vere Allah ne pardonos, se al Li estos aldonitaj rivaloj, tamen Li pardonos, al kiu Li volas, ĉion, kio estos pli malgrava ol tio. Kiu aldonas rivalojn al Allah, tiu plenumas grandegan pekon.

حَتّٰى تَغْتَسِلُوْا ۭ وَاِنْ كُنْتُمْ مَّرْضٰٓى اَوْ عَلٰي سَفَرٍ اَوْ جَاۗءَ
اَحَدٌ مِّنْكُمْ مِّنَ الْغَاۗىِٕطِ اَوْ لٰمَسْتُمُ النِّسَاۗءَ فَلَمْ تَجِدُوْا
مَاۗءً فَتَيَمَّمُوْا صَعِيْدًا طَيِّبًا فَامْسَحُوْا بِوُجُوْهِكُمْ وَ
اَيْدِيْكُمْ ۭ اِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَفُوًّا غَفُوْرًا ﴿٤٣﴾
اَلَمْ تَرَ اِلَى الَّذِيْنَ اُوْتُوْا نَصِيْبًا مِّنَ الْكِتٰبِ يَشْتَرُوْنَ
الضَّلٰلَةَ وَيُرِيْدُوْنَ اَنْ تَضِلُّوا السَّبِيْلَ ﴿٤٤﴾
وَاللّٰهُ اَعْلَمُ بِاَعْدَاۗىِٕكُمْ ۭ وَكَفٰى بِاللّٰهِ وَلِيًّا ڶ وَّكَفٰى
بِاللّٰهِ نَصِيْرًا ﴿٤٥﴾
مِنَ الَّذِيْنَ هَادُوْا يُحَرِّفُوْنَ الْكَلِمَ عَنْ مَّوَاضِعِهٖ
وَيَقُوْلُوْنَ سَمِعْنَا وَعَصَيْنَا وَاسْمَعْ غَيْرَ مُسْمَعٍ وَّ
رَاعِنَا لَيًّۢا بِاَلْسِنَتِهِمْ وَطَعْنًا فِي الدِّيْنِ ۭ وَلَوْ اَنَّهُمْ
قَالُوْا سَمِعْنَا وَاَطَعْنَا وَاسْمَعْ وَانْظُرْنَا لَكَانَ خَيْرًا
لَّهُمْ وَاَقْوَمَ ۙ وَلٰكِنْ لَّعَنَهُمُ اللّٰهُ بِكُفْرِهِمْ فَلَا
يُؤْمِنُوْنَ اِلَّا قَلِيْلًا ﴿٤٦﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اُوْتُوا الْكِتٰبَ اٰمِنُوْا بِمَا نَزَّلْنَا مُصَدِّقًا
لِّمَا مَعَكُمْ مِّنْ قَبْلِ اَنْ نَّطْمِسَ وُجُوْهًا فَنَرُدَّهَا عَلٰٓي
اَدْبَارِهَآ اَوْ نَلْعَنَهُمْ كَمَا لَعَنَّآ اَصْحٰبَ السَّبْتِ ۭ وَكَانَ
اَمْرُ اللّٰهِ مَفْعُوْلًا ﴿٤٧﴾
اِنَّ اللّٰهَ لَا يَغْفِرُ اَنْ يُّشْرَكَ بِهٖ وَيَغْفِرُ مَا دُوْنَ
ذٰلِكَ لِمَنْ يَّشَاۗءُ ۚ وَمَنْ يُّشْرِكْ بِاللّٰهِ فَقَدِ افْتَرٰٓى
اِثْمًا عَظِيْمًا ﴿٤٨﴾
اَلَمْ تَرَ اِلَى الَّذِيْنَ يُزَكُّوْنَ اَنْفُسَهُمْ ۭ بَلِ اللّٰهُ يُزَكِّيْ

* v. la noton al 2:105

50. Ĉu vi ne vidis tiujn, kiuj senkulpigas sin mem? Ne! Allah estas Tiu, kiu senkulpigas, kiun Li volas. Ili ne suferos eĉ joteton da maljusteco.

مَن يَشَآءُ وَلَا يُظۡلَمُونَ فَتِيلًا ﴿٥٠﴾

51. Rigardu, kiel ili elpensas mensogon kontraŭ Allah. Tio sufiĉas kiel peko evidenta.

انظُرۡ كَيۡفَ يَفۡتَرُونَ عَلَى ٱللَّهِ ٱلۡكَذِبَۖ وَكَفَىٰ بِهِۦٓ
إِثۡمًا مُّبِينًا ﴿٥١﴾

52. Ĉu vi ne vidis tiujn, al kiuj estis donita porcio de la Libro? Ili kredas je idoloj kaj je falsaj dioj, kaj ili diras pri la miskredantoj: "Tiuj estas pli bone gvidataj sur la vojo, ol la kredantoj!"

أَلَمۡ تَرَ إِلَى ٱلَّذِينَ أُوتُواْ نَصِيبًا مِّنَ ٱلۡكِتَٰبِ يُؤۡمِنُونَ
بِٱلۡجِبۡتِ وَٱلطَّٰغُوتِ وَيَقُولُونَ لِلَّذِينَ كَفَرُواْ هَٰٓؤُلَآءِ
أَهۡدَىٰ مِنَ ٱلَّذِينَ ءَامَنُواْ سَبِيلًا ﴿٥٢﴾

53. Estas tiuj, kiujn Allah malbenis; kaj por tiu, kiun Allah malbenas, vi ne trovos helpanton.

أُوْلَٰٓئِكَ ٱلَّذِينَ لَعَنَهُمُ ٱللَّهُۖ وَمَن يَلۡعَنِ ٱللَّهُ فَلَن
تَجِدَ لَهُۥ نَصِيرًا ﴿٥٣﴾

54. Ĉu ili partoprenos je la suvereneco? Tiam ili ne donus al la homoj eĉ tiom multe, kiel la sulketo de daktilkerno.

أَمۡ لَهُمۡ نَصِيبٌ مِّنَ ٱلۡمُلۡكِ فَإِذًا لَّا يُؤۡتُونَ ٱلنَّاسَ
نَقِيرًا ﴿٥٤﴾

55. Aŭ ĉu ili envias la homojn pro tio, kion Allah donis al ili per Sia graco? Jen Ni donis al la gento de Abraham la Skribon kaj la saĝon kaj grandegan regnon.

أَمۡ يَحۡسُدُونَ ٱلنَّاسَ عَلَىٰ مَآ ءَاتَىٰهُمُ ٱللَّهُ مِن فَضۡلِهِۦۖ
فَقَدۡ ءَاتَيۡنَآ ءَالَ إِبۡرَٰهِيمَ ٱلۡكِتَٰبَ وَٱلۡحِكۡمَةَ وَءَاتَيۡنَٰهُم
مُّلۡكًا عَظِيمًا ﴿٥٥﴾

56. Inter ili iuj kredis je tio, kaj aliaj turnis sin for de ĝi; la infero estas tamen sufiĉa por bruligi ilin.

فَمِنۡهُم مَّنۡ ءَامَنَ بِهِۦ وَمِنۡهُم مَّن صَدَّ عَنۡهُۚ وَ
كَفَىٰ بِجَهَنَّمَ سَعِيرًا ﴿٥٦﴾

57. Ni baldaŭ puŝos en la fajron tiujn, kiuj rifuzas Niajn signojn. Tuj, kiam ilia haŭto estos brulinta, Ni donos al ili alian haŭton, por ke ili gustumu la punon. Vere Allah estas ĉiopova, saĝa.

إِنَّ ٱلَّذِينَ كَفَرُواْ بِـَٔايَٰتِنَا سَوۡفَ نُصۡلِيهِمۡ نَارًا كُلَّمَا
نَضِجَتۡ جُلُودُهُم بَدَّلۡنَٰهُمۡ جُلُودًا غَيۡرَهَا لِيَذُوقُواْ
ٱلۡعَذَابَۗ إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ عَزِيزًا حَكِيمًا ﴿٥٧﴾

58. Tiujn, kiuj kredas kaj agas bone, Ni kondukos en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, kie ili restos ĉiam kaj eterne; tie estos por ili puraj edzinoj, kaj ilin Ni enkondukos en ĉiaman ombron.

وَٱلَّذِينَ ءَامَنُواْ وَعَمِلُواْ ٱلصَّٰلِحَٰتِ سَنُدۡخِلُهُمۡ جَنَّٰتٖ
تَجۡرِي مِن تَحۡتِهَا ٱلۡأَنۡهَٰرُ خَٰلِدِينَ فِيهَآ أَبَدًاۖ لَّهُمۡ
فِيهَآ أَزۡوَٰجٞ مُّطَهَّرَةٞۖ وَنُدۡخِلُهُمۡ ظِلًّا ظَلِيلًا ﴿٥٨﴾

إِنَّ ٱللَّهَ يَأۡمُرُكُمۡ أَن تُؤَدُّواْ ٱلۡأَمَٰنَٰتِ إِلَىٰٓ أَهۡلِهَا وَ

59. Vere Allah ordonas vin redoni la garantiaĵojn al tiuj, kiuj estas indaj je ili, kaj, kiam vi juĝos inter la homoj, vi juĝu laŭ justeco; vere Allah invitas vin al belegaĵoj; vere Allah estas ĉioaŭda, ĉiovida.

60. Ho vi, kredantoj, obeu Allahon kaj obeu Lian senditon kaj tiujn el vi, kiuj posedas la regadon; kaj kiam vi malkonsentas pri io, proponu ĝin al Allah kaj al la sendito, se vi kredas je Allah kaj al la vivo venonta. Tio estos la plej bona kaj la plej konvena solvo.

61. Ĉu vi ne vidis tiujn, kiuj ŝajnigas kredon je tio, kio estas sendita, kaj je tio, kio jam estis sendita antaŭe? Ili serĉas la rajton ĉe la falsaj dioj, kvankam estis ordonite, ke ili ne aŭskultu ilin; fakte Satano volas erarigi ilin malproksimegen.

62. Kaj kiam estas dirite al ili: "Venu al tio, kion Allah sendis, kaj venu al la sendito", tiam vi vidas, ke malvole la hipokrituloj turnas sin for,

63. kaj nun, post kiam ilin trafis malfeliĉo pro iliaj malbonaj agoj, ili venas al vi kaj ĵuras:"Per Allah! Ni nur intencis bone kaj paceme".

64. Estas ili tiuj, pri kiuj Allah bone scias, kio troviĝas en iliaj koroj; do turnu vin for de ili, kaj admonu ilin kaj diru al ili vortojn, kiuj penetru en iliajn animojn.

65. Ni sendis nur senditon, por ke oni obeu al li laŭ la dekreto de Allah, kaj se ili estus venintaj al vi ĉiufoje, kiam ili pekis kontraŭ siaj animoj, kaj se ili estus plorpetintaj pardonon de Allah, kaj se estus plorpetinta por ili la sendito, ili trovus Allahon kompatema, pardonema.

إِذَا حَكَمْتُمْ بَيْنَ النَّاسِ أَنْ تَحْكُمُوا بِالْعَدْلِ إِنَّ اللّٰهَ
نِعِمَّا يَعِظُكُمْ بِهٖ إِنَّ اللّٰهَ كَانَ سَمِيعًا بَصِيرًا ﴿٥٩﴾
يٰٓأَيُّهَا الَّذِينَ اٰمَنُوٓا أَطِيعُوا اللّٰهَ وَأَطِيعُوا الرَّسُولَ وَ
أُولِي الْأَمْرِ مِنْكُمْ فَإِنْ تَنَازَعْتُمْ فِي شَيْءٍ فَرُدُّوهُ
إِلَى اللّٰهِ وَالرَّسُولِ إِنْ كُنْتُمْ تُؤْمِنُونَ بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ
ع الْاٰخِرِ ذٰلِكَ خَيْرٌ وَأَحْسَنُ تَأْوِيلًا ﴿٦٠﴾
أَلَمْ تَرَ إِلَى الَّذِينَ يَزْعُمُونَ أَنَّهُمْ اٰمَنُوا بِمَآ أُنْزِلَ
إِلَيْكَ وَمَآ أُنْزِلَ مِنْ قَبْلِكَ يُرِيدُونَ أَنْ يَتَحَاكَمُوٓا
إِلَى الطَّاغُوتِ وَقَدْ أُمِرُوٓا أَنْ يَكْفُرُوا بِهٖ وَيُرِيدُ
الشَّيْطٰنُ أَنْ يُضِلَّهُمْ ضَلٰلًا بَعِيدًا ﴿٦١﴾
وَإِذَا قِيلَ لَهُمْ تَعَالَوْا إِلٰى مَآ أَنْزَلَ اللّٰهُ وَإِلَى الرَّسُولِ
رَأَيْتَ الْمُنٰفِقِينَ يَصُدُّونَ عَنْكَ صُدُودًا ﴿٦٢﴾
فَكَيْفَ إِذَآ أَصَابَتْهُمْ مُصِيبَةٌ بِمَا قَدَّمَتْ أَيْدِيهِمْ
ثُمَّ جَآءُوكَ يَحْلِفُونَ بِاللّٰهِ إِنْ أَرَدْنَآ إِلَّآ إِحْسَانًا
وَتَوْفِيقًا ﴿٦٣﴾
أُولٰٓئِكَ الَّذِينَ يَعْلَمُ اللّٰهُ مَا فِي قُلُوبِهِمْ فَأَعْرِضْ
عَنْهُمْ وَعِظْهُمْ وَقُلْ لَهُمْ فِيٓ أَنْفُسِهِمْ قَوْلًا بَلِيغًا ﴿٦٤﴾
وَمَآ أَرْسَلْنَا مِنْ رَسُولٍ إِلَّا لِيُطَاعَ بِإِذْنِ اللّٰهِ وَلَوْ
أَنَّهُمْ إِذْ ظَلَمُوٓا أَنْفُسَهُمْ جَآءُوكَ فَاسْتَغْفَرُوا اللّٰهَ
وَاسْتَغْفَرَ لَهُمُ الرَّسُولُ لَوَجَدُوا اللّٰهَ تَوَّابًا رَحِيمًا ﴿٦٥﴾
فَلَا وَرَبِّكَ لَا يُؤْمِنُونَ حَتّٰى يُحَكِّمُوكَ فِيمَا شَجَرَ
بَيْنَهُمْ ثُمَّ لَا يَجِدُوا فِيٓ أَنْفُسِهِمْ حَرَجًا مِمَّا قَضَيْتَ

66. Kaj ne, per via Sinjoro! Ili ne kredis, ĝis ili vin elektis juĝanto pri la objekto de sia disputo, kaj poste ili ne plu trovis en siaj koroj iun kontraŭparolon pri via decido kaj sindone submetiĝis.

67. Se Ni estus ordoninta al ili: "Mortigu vin mem" aŭ "Eliru el via domoj", ili ne estus farintaj tion, krom malgranda parto de ili; se ili tamen estus farintaj tion, pri kio ili estis ordonitaj, vere estus plej bone por ili kaj plifortigante.

68. Tiam Ni estus doninta Niaflanke al ili grandan rekompencon

69. kaj Ni estus gvidinta ilin sur la rektan vojon.

70. Kiu obeos Allahon kaj la senditon, tiu vere estos inter tiuj, al kiuj Allah donis Sian gracon, nome la profetoj, la veramantoj, la atestantoj kaj la justuloj; tiuj estas la plej bonaj kunuloj.

71. Tio estas per la graco de Allah; kaj Allah scias tute sufiĉe.

72. Ho vi, kredantoj, estu singardemaj! Militiru en grupo aŭ iru ĉiuj kune.

73. Certe estas iu inter vi, kiu restos malantaŭe kaj diros – se trafos vin malfeliĉo –: "Vere Allah donis al mi Sian gracon, ĉar mi ne estis tie kun ili"

74. kaj – se vi ĝuas la gracon de Allah – tiam li diros, kvazaŭ ne estus inter vi kaj li amikeco: "Ho, se mi estus estinta kun ili! Mi certe gajnus grandan sukceson!".

75. Batalu do por la afero de Allah tiuj, kiuj estas pretaj doni ĉi tiun vivon kontraŭ la vivo venonta. Kiu batalas por la afero de Allah, ĉu li estos mortigita, ĉu li venkos, vere Ni baldaŭ donos al li grandan rekompencon.

وَيُسَلِّمُوا تَسْلِيمًا ﴿٦٦﴾
وَلَوْ أَنَّا كَتَبْنَا عَلَيْهِمْ أَنِ اقْتُلُوا أَنفُسَكُمْ أَوِ اخْرُجُوا
مِن دِيَارِكُم مَّا فَعَلُوهُ إِلَّا قَلِيلٌ مِّنْهُمْ ۖ وَلَوْ أَنَّهُمْ
فَعَلُوا مَا يُوعَظُونَ بِهِ لَكَانَ خَيْرًا لَّهُمْ وَأَشَدَّ
تَثْبِيتًا ﴿٦٧﴾
وَإِذًا لَّآتَيْنَاهُم مِّن لَّدُنَّا أَجْرًا عَظِيمًا ﴿٦٨﴾
وَلَهَدَيْنَاهُمْ صِرَاطًا مُّسْتَقِيمًا ﴿٦٩﴾
وَمَن يُطِعِ اللَّهَ وَالرَّسُولَ فَأُولَٰئِكَ مَعَ الَّذِينَ أَنْعَمَ
اللَّهُ عَلَيْهِم مِّنَ النَّبِيِّينَ وَالصِّدِّيقِينَ وَالشُّهَدَاءِ
وَالصَّالِحِينَ ۚ وَحَسُنَ أُولَٰئِكَ رَفِيقًا ﴿٧٠﴾
ع ذَٰلِكَ الْفَضْلُ مِنَ اللَّهِ ۚ وَكَفَىٰ بِاللَّهِ عَلِيمًا ﴿٧١﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا خُذُوا حِذْرَكُمْ فَانفِرُوا ثُبَاتٍ
أَوِ انفِرُوا جَمِيعًا ﴿٧٢﴾
وَإِنَّ مِنكُمْ لَمَن لَّيُبَطِّئَنَّ فَإِنْ أَصَابَتْكُم مُّصِيبَةٌ
قَالَ قَدْ أَنْعَمَ اللَّهُ عَلَيَّ إِذْ لَمْ أَكُن مَّعَهُمْ شَهِيدًا ﴿٧٣﴾
وَلَئِنْ أَصَابَكُمْ فَضْلٌ مِّنَ اللَّهِ لَيَقُولَنَّ كَأَن لَّمْ
تَكُن بَيْنَكُمْ وَبَيْنَهُ مَوَدَّةٌ يَا لَيْتَنِي كُنتُ مَعَهُمْ
فَأَفُوزَ فَوْزًا عَظِيمًا ﴿٧٤﴾
فَلْيُقَاتِلْ فِي سَبِيلِ اللَّهِ الَّذِينَ يَشْرُونَ الْحَيَاةَ الدُّنْيَا
بِالْآخِرَةِ ۚ وَمَن يُقَاتِلْ فِي سَبِيلِ اللَّهِ فَيُقْتَلْ أَوْ
يَغْلِبْ فَسَوْفَ نُؤْتِيهِ أَجْرًا عَظِيمًا ﴿٧٥﴾
وَمَا لَكُمْ لَا تُقَاتِلُونَ فِي سَبِيلِ اللَّهِ وَالْمُسْتَضْعَفِينَ

76. Kio okazis al vi, ke vi ne batalas por la afero de Allah kaj de la malfortaj – viroj, virinoj, infanoj –, kiuj diras: "Nia Sinjoro, elirigu nin de ĉi tiu urbo! Ĝiaj loĝantoj subpremas nin. Donu al ni de Vi protektanton kaj donu al ni de Vi helpanton! "?

مِنَ الرِّجَالِ وَالنِّسَاءِ وَالْوِلْدَانِ الَّذِينَ يَقُولُونَ
رَبَّنَا أَخْرِجْنَا مِنْ هَٰذِهِ الْقَرْيَةِ الظَّالِمِ أَهْلُهَا
وَاجْعَلْ لَنَا مِنْ لَدُنْكَ وَلِيًّا ۚ وَاجْعَلْ لَنَا مِنْ
لَدُنْكَ نَصِيرًا ﴿٧٦﴾

77. La kredantoj batalas por la afero de Allah, kaj la miskredantoj batalas por la afero de la falsaj dioj. Batalu do kontraŭ la amikoj de Satano! Vere la strategio de Satano estas malforta!

الَّذِينَ آمَنُوا يُقَاتِلُونَ فِي سَبِيلِ اللَّهِ ۖ وَالَّذِينَ كَفَرُوا
يُقَاتِلُونَ فِي سَبِيلِ الطَّاغُوتِ فَقَاتِلُوا أَوْلِيَاءَ الشَّيْطَانِ ۖ
إِنَّ كَيْدَ الشَّيْطَانِ كَانَ ضَعِيفًا ﴿٧٧﴾ ع

78. Ĉu vi ne vidis tiujn, al kiuj estis dirite: "Haltigu viajn manojn kaj levu preĝojn kaj donu almozojn"? . Tamen, kiam al ili estis ordonite batali, tiam iuj el ili timis la homojn, kiel ili timis Allahon aŭ eĉ pli kaj diris: "Nia Sinjoro, kial Vi ordonis al ni batali? Ĉu Vi ne konsentos al ni prokraston por kelke da tempo? ". Diru: "La avantaĝo de ĉi tiu vivo estas malgranda, kaj la vivo venonta estas plej bona por la justuloj. Vi ne suferos eĉ joteton da maljusteco.

أَلَمْ تَرَ إِلَى الَّذِينَ قِيلَ لَهُمْ كُفُّوا أَيْدِيَكُمْ وَأَقِيمُوا
الصَّلَاةَ وَآتُوا الزَّكَاةَ فَلَمَّا كُتِبَ عَلَيْهِمُ الْقِتَالُ
إِذَا فَرِيقٌ مِنْهُمْ يَخْشَوْنَ النَّاسَ كَخَشْيَةِ اللَّهِ
أَوْ أَشَدَّ خَشْيَةً ۚ وَقَالُوا رَبَّنَا لِمَ كَتَبْتَ عَلَيْنَا
الْقِتَالَ لَوْلَا أَخَّرْتَنَا إِلَىٰ أَجَلٍ قَرِيبٍ ۗ قُلْ مَتَاعُ
الدُّنْيَا قَلِيلٌ وَالْآخِرَةُ خَيْرٌ لِمَنِ اتَّقَىٰ وَلَا
تُظْلَمُونَ فَتِيلًا ﴿٧٨﴾

79. Kie ajn vi estos, la morto atingos vin, eĉ se vi estos en altaj kasteloj. Se ilin trafas bono, ili diras: "Tio venas de Allah", kaj se ilin trafas malbono, ili diras: "Tio venas de vi". Diru tiam (ho sendito! ): "Ĉio venas de Allah! ". Kio okazis al ĉi tiu popolo? Ili estas tiel malproksimaj de la kompreno!

أَيْنَمَا تَكُونُوا يُدْرِكْكُمُ الْمَوْتُ وَلَوْ كُنْتُمْ فِي بُرُوجٍ
مُشَيَّدَةٍ ۗ وَإِنْ تُصِبْهُمْ حَسَنَةٌ يَقُولُوا هَٰذِهِ مِنْ
عِنْدِ اللَّهِ ۖ وَإِنْ تُصِبْهُمْ سَيِّئَةٌ يَقُولُوا هَٰذِهِ مِنْ
عِنْدِكَ ۚ قُلْ كُلٌّ مِنْ عِنْدِ اللَّهِ ۖ فَمَالِ هَٰؤُلَاءِ الْقَوْمِ
لَا يَكَادُونَ يَفْقَهُونَ حَدِيثًا ﴿٧٩﴾

80. Kio ajn bona vin trafas, venas de Allah, kaj kio ajn malbona vin trafas, venas de vi mem. Ni sendis vin al la homoj kiel senditon. Allah sufiĉas kiel atestanto.

مَا أَصَابَكَ مِنْ حَسَنَةٍ فَمِنَ اللَّهِ ۖ وَمَا أَصَابَكَ مِنْ
سَيِّئَةٍ فَمِنْ نَفْسِكَ ۚ وَأَرْسَلْنَاكَ لِلنَّاسِ رَسُولًا ۚ
وَكَفَىٰ بِاللَّهِ شَهِيدًا ﴿٨٠﴾

81. Kiu obeas la senditon, fakte obeas Allahon, kaj kiu turnas sin for – nu, Ni ne sendis vin al ili kiel gardanton.

82. Ili diras: "Ni estos obeemaj", sed kiam ili disiras de vi, iuj el ili elpensas la malon de tio, kion vi diris. Allah tamen ĉion enskribas, kion ili elpensis; do turnu vin for de ili, kaj konfidu je Allah. Allah sufiĉas kiel garantianto.

83. Ĉu ili ne volas pripensi pri la Korano? Se ĝi estus de alia ol de Allah, ili trovus en ĝi multajn kontraŭdirojn.

84. Kiam atingas ilin novaĵo pri sekureco aŭ pri timo, ili publikigas ĝin; sed se ili estus ĝin proponintaj al la sendito aŭ al tiuj el ili, kiuj havas la regadon, certe ĝin komprenus tiuj, kiuj kapablas klarigi ĝin. Kaj se ne estus la graco de Allah sur vi, vi ĉiuj estus sekvintaj Satanon, krom malmultaj.

85. Batalu do por la afero de Allah; pri neniu vi devos respondi ol pri vi mem. Kaj incitu la kredantojn; verŝajne Allah haltigos la atakon de la miskredantoj; Allah estas pli forta kaj pli severa je l' puno.

86. Kiu intervenos por justa afero, partoprenos en ĝi, kaj kiu intervenos por maljusta afero, same partoprenos en ĝi. Allah havas vere povon super ĉiuj aferoj.

87. Kiam vi estos salutataj per bondeziro, reŝanĝu ĝin per pli granda aŭ almenaŭ per egala. Vere Allah kutimas registri ĉiujn aferojn.

88. Allah! Ne ekzistas alia Dio ol Li. Vere Li kunvenigos vin en la tago de la reviviĝo, pri kiu ne estas dubo. Kiu estas pli verdiranta en sia parolo ol Allah?

مَنْ يُّطِعِ الرَّسُوْلَ فَقَدْ اَطَاعَ اللّٰهَ ۚ وَمَنْ تَوَلّٰى فَمَآ
اَرْسَلْنٰكَ عَلَيْهِمْ حَفِيْظًا ﴿٨١﴾
وَيَقُوْلُوْنَ طَاعَةٌ ۫ فَاِذَا بَرَزُوْا مِنْ عِنْدِكَ بَيَّتَ طَآئِفَةٌ
مِّنْهُمْ غَيْرَ الَّذِيْ تَقُوْلُ ۭ وَاللّٰهُ يَكْتُبُ مَا يُبَيِّتُوْنَ ۚ
فَاَعْرِضْ عَنْهُمْ وَتَوَكَّلْ عَلَى اللّٰهِ ۭ وَكَفٰى بِاللّٰهِ
وَكِيْلًا ﴿٨٢﴾
اَفَلَا يَتَدَبَّرُوْنَ الْقُرْاٰنَ ۭ وَلَوْ كَانَ مِنْ عِنْدِ غَيْرِ اللّٰهِ
لَوَجَدُوْا فِيْهِ اخْتِلَافًا كَثِيْرًا ﴿٨٣﴾
وَاِذَا جَآءَهُمْ اَمْرٌ مِّنَ الْاَمْنِ اَوِ الْخَوْفِ اَذَاعُوْا
بِهٖ ۭ وَلَوْ رَدُّوْهُ اِلَى الرَّسُوْلِ وَاِلٰٓى اُولِي الْاَمْرِ مِنْهُمْ
لَعَلِمَهُ الَّذِيْنَ يَسْتَنْۢبِطُوْنَهٗ مِنْهُمْ ۭ وَلَوْلَا فَضْلُ اللّٰهِ
عَلَيْكُمْ وَرَحْمَتُهٗ لَاتَّبَعْتُمُ الشَّيْطٰنَ اِلَّا قَلِيْلًا ﴿٨٤﴾
فَقَاتِلْ فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ ۚ لَا تُكَلَّفُ اِلَّا نَفْسَكَ وَ
حَرِّضِ الْمُؤْمِنِيْنَ ۚ عَسَى اللّٰهُ اَنْ يَّكُفَّ بَاْسَ الَّذِيْنَ
كَفَرُوْا ۭ وَاللّٰهُ اَشَدُّ بَاْسًا وَّاَشَدُّ تَنْكِيْلًا ﴿٨٥﴾
مَنْ يَّشْفَعْ شَفَاعَةً حَسَنَةً يَّكُنْ لَّهٗ نَصِيْبٌ مِّنْهَا ۚ
وَمَنْ يَّشْفَعْ شَفَاعَةً سَيِّئَةً يَّكُنْ لَّهٗ كِفْلٌ مِّنْهَا ۭ
وَكَانَ اللّٰهُ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ مُّقِيْتًا ﴿٨٦﴾
وَاِذَا حُيِّيْتُمْ بِتَحِيَّةٍ فَحَيُّوْا بِاَحْسَنَ مِنْهَآ اَوْ رُدُّوْهَا ۭ
اِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ حَسِيْبًا ﴿٨٧﴾
اَللّٰهُ لَآ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ ۭ لَيَجْمَعَنَّكُمْ اِلٰى يَوْمِ الْقِيٰمَةِ لَا
رَيْبَ فِيْهِ ۭ وَمَنْ اَصْدَقُ مِنَ اللّٰهِ حَدِيْثًا ﴿٨٨﴾ ع ٨

89. Kio okazis al vi, ke vi disiĝis en du partiojn kontraŭ la hipokrituloj? Allah forpelis ilin pro tio, kion ili meritis. Ĉu vi volas gvidi iun, kiun jam Allah lasis eraradi? Pro tiu, kiun Allah lasas eraradi, vi ne trovos vojon.

فَمَا لَكُمْ فِي الْمُنٰفِقِيْنَ فِئَتَيْنِ وَاللّٰهُ اَرْكَسَهُمْ
بِمَا كَسَبُوْا ؕ اَتُرِيْدُوْنَ اَنْ تَهْدُوْا مَنْ اَضَلَّ اللّٰهُ ؕ
وَمَنْ يُّضْلِلِ اللّٰهُ فَلَنْ تَجِدَ لَهٗ سَبِيْلًا ﴿۸۹﴾

90. Ili deziras, ke vi miskredu, kiel ili miskredas, por ke vi estu egalaj. Do ne prenu iun el ili kiel amikon, ĝis li forlasos por eniri la vojon de Allah; kaj se ili ne ŝanĝiĝos, tiam kaptu kaj mortigu ilin, kie ajn vi trovos ilin; kaj ne prenu iun el ili kiel amikon aŭ helpanton,

وَدُّوْا لَوْ تَكْفُرُوْنَ كَمَا كَفَرُوْا فَتَكُوْنُوْنَ سَوَآءً فَلَا
تَتَّخِذُوْا مِنْهُمْ اَوْلِيَآءَ حَتّٰى يُهَاجِرُوْا فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ ؕ
فَاِنْ تَوَلَّوْا فَخُذُوْهُمْ وَاقْتُلُوْهُمْ حَيْثُ وَجَدْتُّمُوْهُمْ ۪
وَلَا تَتَّخِذُوْا مِنْهُمْ وَلِيًّا وَّلَا نَصِيْرًا ﴿۹۰﴾

91. krom la anojn de la popolo, kun kiu vi havas aliancon, kiuj venas al vi, ĉar ili malŝatas en siaj brustoj batali kontraŭ vi aŭ kontraŭ sia popolo. Se Allah volus, Li donus al ili povon super vi, kaj ili batalus kontraŭ vi. Tial, se ili restas malproksime de vi kaj ne batalas kontraŭ vi kaj proponas al vi la pacon, tiam Allah ne permesos, ke vi eniru la vojon kontraŭ ili.

اِلَّا الَّذِيْنَ يَصِلُوْنَ اِلٰى قَوْمٍۭ بَيْنَكُمْ وَبَيْنَهُمْ مِّيْثَاقٌ
اَوْ جَآءُوْكُمْ حَصِرَتْ صُدُوْرُهُمْ اَنْ يُّقَاتِلُوْكُمْ اَوْ
يُقَاتِلُوْا قَوْمَهُمْ ؕ وَلَوْ شَآءَ اللّٰهُ لَسَلَّطَهُمْ عَلَيْكُمْ
فَلَقٰتَلُوْكُمْ ۚ فَاِنِ اعْتَزَلُوْكُمْ فَلَمْ يُقَاتِلُوْكُمْ وَاَلْقَوْا
اِلَيْكُمُ السَّلَمَ ۙ فَمَا جَعَلَ اللّٰهُ لَكُمْ عَلَيْهِمْ سَبِيْلًا ﴿۹۱﴾

92. Vi trovos aliajn, kiuj deziras pacon kun vi kaj kun sia popolo. Ciam, kiam ili rekomencas per malamikeco, ili refalas en ĝin. Se ili do ne restos malproksime de vi, nek proponos pacon al vi kaj ne haltigos siajn manojn, tiam vi kaptu kaj mortigu ilin, kie ajn vi ilin trovos. Super ili Ni konsentis al vi ĉian regadon.

سَتَجِدُوْنَ اٰخَرِيْنَ يُرِيْدُوْنَ اَنْ يَّاْمَنُوْكُمْ وَيَاْمَنُوْا
قَوْمَهُمْ ؕ كُلَّمَا رُدُّوْا اِلَى الْفِتْنَةِ اُرْكِسُوْا فِيْهَا ۚ فَاِنْ لَّمْ
يَعْتَزِلُوْكُمْ وَيُلْقُوْا اِلَيْكُمُ السَّلَمَ وَيَكُفُّوْا اَيْدِيَهُمْ
فَخُذُوْهُمْ وَاقْتُلُوْهُمْ حَيْثُ ثَقِفْتُمُوْهُمْ ؕ وَاُولٰٓئِكُمْ
جَعَلْنَا لَكُمْ عَلَيْهِمْ سُلْطٰنًا مُّبِيْنًا ﴿۹۲﴾ ع ۱۳ ۹

93. Al neniu kredanto estas permesite mortigi kredanton krom erare. Kiu mortigos kredanton erare, elpagu per liberigo de sklavo kredanta kaj per monpuno al la heredantoj el lia gento, krom se ili rezignas. Se tamen la mortigito apartenis al popolo malamika kaj la mortiginto estas kredanto, ĉi tiu elpagu per liberigo de sklavo kredanta. Se la mortigito apartenis al popolo, kun kiu

وَمَا كَانَ لِمُؤْمِنٍ اَنْ يَّقْتُلَ مُؤْمِنًا اِلَّا خَطَـًٔا ۚ وَمَنْ
قَتَلَ مُؤْمِنًا خَطَـًٔا فَتَحْرِيْرُ رَقَبَةٍ مُّؤْمِنَةٍ وَّدِيَةٌ
مُّسَلَّمَةٌ اِلٰٓى اَهْلِهٖٓ اِلَّآ اَنْ يَّصَّدَّقُوْا ؕ فَاِنْ كَانَ مِنْ
قَوْمٍ عَدُوٍّ لَّكُمْ وَهُوَ مُؤْمِنٌ فَتَحْرِيْرُ رَقَبَةٍ مُّؤْمِنَةٍ ؕ
وَاِنْ كَانَ مِنْ قَوْمٍۭ بَيْنَكُمْ وَبَيْنَهُمْ مِّيْثَاقٌ فَدِيَةٌ

vi havas aliancon, tiam elpagu per monpuno al liaj heredantoj kaj per liberigo de kredanta sklavo. Kiu tion ne povas, fastu du sinsekvajn monatojn. Tio estas la pardonemo de Allah. Allah estas ĉioscia, saĝa.

94. Por tiu, kiu mortigos vole kredanton, la repago estos la infero, por ke li restu tie ĉiam, kaj Allah koleros kontraŭ li kaj malbenos lin kaj pretigos por li gravan punon.

95. Ho vi, kredantoj! Kiam ajn vi eliros por la afero de Allah, elserĉu akurate kaj ne diru al ĉiu, kiu proponas al vi pacsaluton: "Vi ne estas kredanto", deziregante la havaĵojn de ĉi tiu vivo; fakte, ĉe Allah estas abundo da havaĵoj. Tiel vi kutimis antaŭe, tamen poste Allah verŝis sur vin Sian favoron. Do elserĉu akurate. Allah bone scias, kion vi faras.

96. Kiuj el la kredantoj estos restintaj ekster la danĝero – krom la invalidoj –, ne estos egalaj al tiuj, kiuj riskas siajn propraĵojn kaj sian vivon por la afero de Allah. Plialtigis Allah je l' rango la batalantojn per havaĵoj kaj vivo super la restintoj. Al ĉiu Allah promesis bonon, kaj Allah distingos la batalantojn disde la restintoj per granda rekompenco,

97. rangoj ĉe Si kaj pardono kaj graco. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

98. Al tiuj, kiujn la anĝeloj mortigos, dum ili estas pekuloj kontraŭ si mem, ili diros: "Kion vi deziras? "; ili respondos: "Ni estis malfortaj en la lando", kaj la anĝeloj diros: "Ĉu ne estas la tero de Allah sufiĉe vasta, por ke vi elmigru aliloken? ". Estas ili tiuj, kies restadejo estos la infero; malbonega estas tiu destino.

مُّسَلَّمَةٌ إِلَىٰٓ أَهْلِهِۦ وَتَحْرِيرُ رَقَبَةٍ مُّؤْمِنَةٍ ۖ فَمَن لَّمْ يَجِدْ فَصِيَامُ شَهْرَيْنِ مُتَتَابِعَيْنِ تَوْبَةً مِّنَ ٱللَّهِ ۗ وَكَانَ ٱللَّهُ عَلِيمًا حَكِيمًا ﴿٩٣﴾

وَمَن يَقْتُلْ مُؤْمِنًا مُّتَعَمِّدًا فَجَزَآؤُهُۥ جَهَنَّمُ خَٰلِدًا فِيهَا وَغَضِبَ ٱللَّهُ عَلَيْهِ وَلَعَنَهُۥ وَأَعَدَّ لَهُۥ عَذَابًا عَظِيمًا ﴿٩٤﴾

يَٰٓأَيُّهَا ٱلَّذِينَ ءَامَنُوٓا۟ إِذَا ضَرَبْتُمْ فِى سَبِيلِ ٱللَّهِ فَتَبَيَّنُوا۟ وَلَا تَقُولُوا۟ لِمَنْ أَلْقَىٰٓ إِلَيْكُمُ ٱلسَّلَٰمَ لَسْتَ مُؤْمِنًا تَبْتَغُونَ عَرَضَ ٱلْحَيَوٰةِ ٱلدُّنْيَا فَعِندَ ٱللَّهِ مَغَانِمُ كَثِيرَةٌ ۚ كَذَٰلِكَ كُنتُم مِّن قَبْلُ فَمَنَّ ٱللَّهُ عَلَيْكُمْ فَتَبَيَّنُوٓا۟ ۚ إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ بِمَا تَعْمَلُونَ خَبِيرًا ﴿٩٥﴾

لَّا يَسْتَوِى ٱلْقَٰعِدُونَ مِنَ ٱلْمُؤْمِنِينَ غَيْرُ أُو۟لِى ٱلضَّرَرِ وَٱلْمُجَٰهِدُونَ فِى سَبِيلِ ٱللَّهِ بِأَمْوَٰلِهِمْ وَأَنفُسِهِمْ ۚ فَضَّلَ ٱللَّهُ ٱلْمُجَٰهِدِينَ بِأَمْوَٰلِهِمْ وَأَنفُسِهِمْ عَلَى ٱلْقَٰعِدِينَ دَرَجَةً ۚ وَكُلًّا وَعَدَ ٱللَّهُ ٱلْحُسْنَىٰ ۚ وَفَضَّلَ ٱللَّهُ ٱلْمُجَٰهِدِينَ عَلَى ٱلْقَٰعِدِينَ أَجْرًا عَظِيمًا ﴿٩٦﴾

دَرَجَٰتٍ مِّنْهُ وَمَغْفِرَةً وَرَحْمَةً ۚ وَكَانَ ٱللَّهُ غَفُورًا رَّحِيمًا ﴿٩٧﴾

إِنَّ ٱلَّذِينَ تَوَفَّىٰهُمُ ٱلْمَلَٰٓئِكَةُ ظَالِمِىٓ أَنفُسِهِمْ قَالُوا۟ فِيمَ كُنتُمْ ۖ قَالُوا۟ كُنَّا مُسْتَضْعَفِينَ فِى ٱلْأَرْضِ ۚ قَالُوٓا۟ أَلَمْ تَكُنْ أَرْضُ ٱللَّهِ وَٰسِعَةً فَتُهَاجِرُوا۟ فِيهَا ۚ فَأُو۟لَٰٓئِكَ مَأْوَىٰهُمْ جَهَنَّمُ ۖ وَسَآءَتْ مَصِيرًا ﴿٩٨﴾

99. Escepto estos la malfortaj – viroj, virinoj, infanoj –, kiuj ne kapablas elpensi rimedon, nek trovi sian vojon.

100. Estas ili tiuj, al kiuj baldaŭ Allah indulgos; kaj Allah estas indulgema, senkulpigema.

101. Kiu elmigros por la afero de Allah, trovos sur la tero multajn rifuĝejojn kaj abundajn provizojn. Kiu lasos sian hejmon kaj elmigros al Allah kaj al Lia sendito kaj estos atingita de la morto, vere lia rekompenco estos afero de Allah. Allah estas senkulpigema, pardonema.

إِلَّا الْمُسْتَضْعَفِينَ مِنَ الرِّجَالِ وَالنِّسَاءِ وَالْوِلْدَانِ لَا
يَسْتَطِيعُونَ حِيلَةً وَلَا يَهْتَدُونَ سَبِيلًا ﴿٩٩﴾
فَأُولَٰئِكَ عَسَى اللَّهُ أَن يَعْفُوَ عَنْهُمْ ۚ وَكَانَ اللَّهُ عَفُوًّا
غَفُورًا ﴿١٠٠﴾
وَمَن يُهَاجِرْ فِي سَبِيلِ اللَّهِ يَجِدْ فِي الْأَرْضِ مُرَاغَمًا
كَثِيرًا وَسَعَةً ۚ وَمَن يَخْرُجْ مِن بَيْتِهِ مُهَاجِرًا إِلَى
اللَّهِ وَرَسُولِهِ ثُمَّ يُدْرِكْهُ الْمَوْتُ فَقَدْ وَقَعَ أَجْرُهُ
عَلَى اللَّهِ ۗ وَكَانَ اللَّهُ غَفُورًا رَّحِيمًا ﴿١٠١﴾
وَإِذَا ضَرَبْتُمْ فِي الْأَرْضِ فَلَيْسَ عَلَيْكُمْ جُنَاحٌ أَن
تَقْصُرُوا مِنَ الصَّلَاةِ إِنْ خِفْتُمْ أَن يَفْتِنَكُمُ
الَّذِينَ كَفَرُوا ۚ إِنَّ الْكَافِرِينَ كَانُوا لَكُمْ عَدُوًّا مُّبِينًا ﴿١٠٢﴾
وَإِذَا كُنتَ فِيهِمْ فَأَقَمْتَ لَهُمُ الصَّلَاةَ فَلْتَقُمْ طَائِفَةٌ
مِّنْهُم مَّعَكَ وَلْيَأْخُذُوا أَسْلِحَتَهُمْ فَإِذَا سَجَدُوا
فَلْيَكُونُوا مِن وَرَائِكُمْ وَلْتَأْتِ طَائِفَةٌ أُخْرَىٰ لَمْ
يُصَلُّوا فَلْيُصَلُّوا مَعَكَ وَلْيَأْخُذُوا حِذْرَهُمْ وَأَسْلِحَتَهُمْ
وَدَّ الَّذِينَ كَفَرُوا لَوْ تَغْفُلُونَ عَنْ أَسْلِحَتِكُمْ وَأَمْتِعَتِكُمْ
فَيَمِيلُونَ عَلَيْكُم مَّيْلَةً وَاحِدَةً ۚ وَلَا جُنَاحَ عَلَيْكُمْ
إِن كَانَ بِكُمْ أَذًى مِّن مَّطَرٍ أَوْ كُنتُم مَّرْضَىٰ أَن تَضَعُوا
أَسْلِحَتَكُمْ ۖ وَخُذُوا حِذْرَكُمْ ۗ إِنَّ اللَّهَ أَعَدَّ لِلْكَافِرِينَ
عَذَابًا مُّهِينًا ﴿١٠٣﴾
فَإِذَا قَضَيْتُمُ الصَّلَاةَ فَاذْكُرُوا اللَّهَ قِيَامًا وَقُعُودًا وَعَلَىٰ
جُنُوبِكُمْ ۚ فَإِذَا اطْمَأْنَنتُمْ فَأَقِيمُوا الصَّلَاةَ ۚ إِنَّ

102. Kiam vi vojaĝas en la lando, ne estos peko por vi mallongigi la preĝon, se vi timas, ke la miskredantoj surprizos vin. Vere la miskredantoj estas viaj evidentaj malamikoj.

103. Kiam vi (ho sendito) estos inter ili kaj gvidos la preĝon, staru iuj el ili kun vi, sed ili prenu siajn armilojn; kiam ili terenkuŝiĝos, ili sin tenu malantaŭ vi, kaj aliaj, kiuj ankoraŭ ne preĝis, preĝu kun vi, sed ili ankaŭ prenu singardon kaj tenu siajn armilojn. La miskredantoj certe ĝojus, se vi ne zorgus pri viaj armiloj kaj pakaĵoj, ataki vin neatendite. Ne estos peko por vi, se, ĉagrenate de la pluvo aŭ malsanaj, vi demetos viajn armilojn. Tamen prenu singardon. Vere Allah pretigas por la miskredantoj hontigan punon.

104. Kiam vi finos la preĝon, tiam pripensu pri Allah starante, sidante aŭ kuŝante flanke. Kiam vi estos sekuraj, plenumu la preĝon, ĉar la preĝo je difinitaj tempoj estas devo por la kredantoj.

105. Ne ĉesu persekuti la popolon miskredantan; se vi suferos, ili suferu, kiel vi suferas. Vi esperu de Allah, kion ili ne esperas. Vere Allah estas ĉioscia, saĝa.

106. Ni vere sendis al vi la Libron kun la vero, por ke vi juĝu inter la homoj, kiel Allah instruis vin. Do ne disputu por la malfideluloj,

107. kaj petu pardonon de Allah. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

108. Ne defendu tiujn, kiuj trompas sin mem. Vere Allah ne amas la trompistojn nek la pekulojn.

109. Ili kaŝas sin de la homoj, sed ili ne sukcesos kaŝi sin de Allah. Li estas kun ili, kiam ili kaŝe intrigas, kion Li malŝatas. Allah ĉirkaŭas, kion ili faras.

110. Jen! Vi defendis ilin en ĉi tiu vivo, sed kiu defendos ilin de Allah en la tago de la reviviĝo, aŭ kiu estos protektanto por ili?

111. Kiu malbonfaros aŭ pekos kontraŭ si mem, poste tamen petos pardonon de Allah, tiu trovos Allahon senkulpigema, pardonema.

112. Kiu faros pekon, tiu faros ĝin kontraŭ si mem. Allah estas ĉioscia, saĝa.

113. Kiu faros eraron aŭ pekon kaj kulpigos pri tio nekulpulon, tiu vere ŝarĝiĝos per kalumnio kaj evidenta peko.

---

الصَّلٰوةَ كَانَتْ عَلَى الْمُؤْمِنِيْنَ كِتٰبًا مَّوْقُوْتًا ﴿١٠٤﴾
وَلَا تَهِنُوْا فِي ابْتِغَآءِ الْقَوْمِ ؕ اِنْ تَكُوْنُوْا تَاْلَمُوْنَ
فَاِنَّهُمْ يَاْلَمُوْنَ كَمَا تَاْلَمُوْنَ ۚ وَتَرْجُوْنَ مِنَ اللّٰهِ مَا
ع ١٥ ١٢ لَا يَرْجُوْنَ ؕ وَكَانَ اللّٰهُ عَلِيْمًا حَكِيْمًا ﴿١٠٥﴾
اِنَّآ اَنْزَلْنَآ اِلَيْكَ الْكِتٰبَ بِالْحَقِّ لِتَحْكُمَ بَيْنَ النَّاسِ
بِمَآ اَرٰىكَ اللّٰهُ ؕ وَلَا تَكُنْ لِّلْخَآئِنِيْنَ خَصِيْمًا ﴿١٠٦﴾
وَّاسْتَغْفِرِ اللّٰهَ ؕ اِنَّ اللّٰهَ كَانَ غَفُوْرًا رَّحِيْمًا ﴿١٠٧﴾
وَلَا تُجَادِلْ عَنِ الَّذِيْنَ يَخْتَانُوْنَ اَنْفُسَهُمْ ؕ اِنَّ اللّٰهَ
لَا يُحِبُّ مَنْ كَانَ خَوَّانًا اَثِيْمًا ﴿١٠٨﴾
يَّسْتَخْفُوْنَ مِنَ النَّاسِ وَلَا يَسْتَخْفُوْنَ مِنَ اللّٰهِ
وَهُوَ مَعَهُمْ اِذْ يُبَيِّتُوْنَ مَا لَا يَرْضٰى مِنَ الْقَوْلِ ؕ
وَكَانَ اللّٰهُ بِمَا يَعْمَلُوْنَ مُحِيْطًا ﴿١٠٩﴾
هٰٓاَنْتُمْ هٰٓؤُلَآءِ جٰدَلْتُمْ عَنْهُمْ فِي الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا ۟
فَمَنْ يُّجَادِلُ اللّٰهَ عَنْهُمْ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ اَمْ مَّنْ يَّكُوْنُ
عَلَيْهِمْ وَكِيْلًا ﴿١١٠﴾
وَمَنْ يَّعْمَلْ سُوْٓءًا اَوْ يَظْلِمْ نَفْسَهٗ ثُمَّ يَسْتَغْفِرِ اللّٰهَ
يَجِدِ اللّٰهَ غَفُوْرًا رَّحِيْمًا ﴿١١١﴾
وَمَنْ يَّكْسِبْ اِثْمًا فَاِنَّمَا يَكْسِبُهٗ عَلٰى نَفْسِهٖ ؕ وَكَانَ
اللّٰهُ عَلِيْمًا حَكِيْمًا ﴿١١٢﴾
وَمَنْ يَّكْسِبْ خَطِيْٓئَةً اَوْ اِثْمًا ثُمَّ يَرْمِ بِهٖ بَرِيْٓئًا
ع ١٦ ١٣ فَقَدِ احْتَمَلَ بُهْتَانًا وَّاِثْمًا مُّبِيْنًا ﴿١١٣﴾
وَلَوْلَا فَضْلُ اللّٰهِ عَلَيْكَ وَرَحْمَتُهٗ لَهَمَّتْ طَّآئِفَةٌ

114. Se ne estus super vi (ho sendito) la graco de Allah kaj Lia favoro, iuj el ili estus provintaj devojigi vin, sed ili ne sukcesis devojigi alian ol sin mem, kaj ili neniel povas malutili al vi. Allah sendis al vi la Libron kaj la saĝon kaj Li instruis al vi, kion vi ne sciis. Vere la graco de Allah por vi estas granda.

115. Nenio bona estas en la plejmulto el iliaj sekretaj interparoladoj, krom se ili rekomendas almozojn aŭ bonfaron aŭ paciĝon inter la homoj. Al tiu, kiu tion faras deziregante plaĉi al Allah, baldaŭ Ni donos grandan rekompencon.

116. Tiun, kiu kontraŭstaros la senditon, kiam li estos montrinta al li la vojon de la gvidado, kaj sekvos alian vojon ol tiun de la kredantoj, Ni elĵetos en la inferon. Malbonega estas tiu destino!

117. Allah ne pardonos, se estos aldonitaj al Li rivaloj, tamen Li pardonos, al kiu Li volas, ĉion ajn, kio estas malpli malbona. Kiu aldonas al Allah rivalojn, vere eraras per grandega eraro.

118. Ili alpreĝas, krom Lin, nur senvivajn aĵojn kaj ili alpreĝas nur Satanon, la ribelinton,

119. kiun Allah malbenis, kaj kiu diris: "Mi certe forprenos iujn el Viaj servantoj!

120. Mi vere erarigos ilin, vere mi estigos en ili vanajn dezirojn, kaj mi ordonos al ili kaj ili entranĉos* la orelojn de la bestaro, kaj mi ordonos al ili kaj ili misformos la kreitaĵojn de Allah". Kiu prenos kiel patronon Satanon anstataŭ Allahon, vere tiu kaŭzos al si mem evidentan perdiĝon.

مِنْهُمْ أَنْ يُضِلُّوكَ ۖ وَمَا يُضِلُّونَ إِلَّا أَنْفُسَهُمْ وَمَا
يَضُرُّونَكَ مِنْ شَيْءٍ ۚ وَأَنْزَلَ اللَّهُ عَلَيْكَ الْكِتَابَ وَ
الْحِكْمَةَ وَعَلَّمَكَ مَا لَمْ تَكُنْ تَعْلَمُ ۚ وَكَانَ فَضْلُ اللَّهِ
عَلَيْكَ عَظِيمًا ﴿١١٣﴾
لَا خَيْرَ فِي كَثِيرٍ مِنْ نَجْوَاهُمْ إِلَّا مَنْ أَمَرَ بِصَدَقَةٍ
أَوْ مَعْرُوفٍ أَوْ إِصْلَاحٍ بَيْنَ النَّاسِ ۚ وَمَنْ يَفْعَلْ
ذَٰلِكَ ابْتِغَاءَ مَرْضَاتِ اللَّهِ فَسَوْفَ نُؤْتِيهِ أَجْرًا
عَظِيمًا ﴿١١٤﴾
وَمَنْ يُشَاقِقِ الرَّسُولَ مِنْ بَعْدِ مَا تَبَيَّنَ لَهُ الْهُدَىٰ
وَيَتَّبِعْ غَيْرَ سَبِيلِ الْمُؤْمِنِينَ نُوَلِّهِ مَا تَوَلَّىٰ وَنُصْلِهِ
جَهَنَّمَ ۖ وَسَاءَتْ مَصِيرًا ﴿١١٥﴾
إِنَّ اللَّهَ لَا يَغْفِرُ أَنْ يُشْرَكَ بِهِ وَيَغْفِرُ مَا دُونَ
ذَٰلِكَ لِمَنْ يَشَاءُ ۚ وَمَنْ يُشْرِكْ بِاللَّهِ فَقَدْ ضَلَّ
ضَلَالًا بَعِيدًا ﴿١١٦﴾
إِنْ يَدْعُونَ مِنْ دُونِهِ إِلَّا إِنَاثًا وَإِنْ يَدْعُونَ إِلَّا شَيْطَانًا مَرِيدًا ﴿١١٧﴾
لَعَنَهُ اللَّهُ ۘ وَقَالَ لَأَتَّخِذَنَّ مِنْ عِبَادِكَ نَصِيبًا
مَفْرُوضًا ﴿١١٨﴾
وَلَأُضِلَّنَّهُمْ وَلَأُمَنِّيَنَّهُمْ وَلَآمُرَنَّهُمْ فَلَيُبَتِّكُنَّ
آذَانَ الْأَنْعَامِ وَلَآمُرَنَّهُمْ فَلَيُغَيِّرُنَّ خَلْقَ اللَّهِ ۚ
وَمَنْ يَتَّخِذِ الشَّيْطَانَ وَلِيًّا مِنْ دُونِ اللَّهِ فَقَدْ
خَسِرَ خُسْرَانًا مُبِينًا ﴿١١٩﴾
يَعِدُهُمْ وَيُمَنِّيهِمْ ۖ وَمَا يَعِدُهُمُ الشَّيْطَانُ إِلَّا

* Antaŭislama superstiĉo, kiun la Korano kondamnas

121. Li faras promesojn al ili kaj estigas en ili vanajn dezirojn; tamen tio, kion Satano promesas, estas nur trompo.

122. Ilia restadejo estos la infero, kaj ili ne trovos rimedon kontraŭ ĝi.

123. La kredantojn kaj bonfarantojn Ni kondukos en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj; tie ili restos ĉiam kaj eterne. Tio estas certa promeso de Allah; kaj kiu estas pli verdiranta en Sia parolo ol Allah?

124. Ne okazos laŭ viaj deziroj nek laŭ la deziroj de la popolo de la Skribo; kiu agas malbone, tiu ricevos la repagon pro tio, kaj por si mem li ne trovos krom Allahon protektanton nek helpanton.

125. Kiuj agas bone – ĉu viro, ĉu virino – kaj estas kredantoj, tiuj iros en la Paradizon kaj por ili ne estos eĉ tiom multe da maljusteco, kiel en la sulketo de daktilkerno.

126. Kiu havas pli bonan religion ol la submetiĝinto al Allah, la bonfaranto kaj la sekvanto de la kredo de Abraham la justulo? Allah prenis Abrahamon kiel amikon.

127. Al Allah apartenas, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Allah vere ĉirkaŭas ĉiujn aferojn.

128. Ili demandas vin pri la virinoj. Diru: "Allah instruis vin pri ili". Kio al vi estis instruita en la Libro, tio koncernas la orfinojn, tiujn, al kiuj vi ne donas tion, kio estis ordonita al vi, kun kiuj vi tamen deziregas edziĝi, kaj la malfortajn infanojn, kaj vi praktiku justecon kontraŭ la orfoj. Kion ajn bonan vi faras, vere Allah scias.

غُرُوْرًا ﴿١٢١﴾
أُولٰٓئِكَ مَأْوٰىهُمْ جَهَنَّمُ ۡ وَلَا يَجِدُوْنَ عَنْهَا
مَحِيْصًا ﴿١٢٢﴾
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ سَنُدْخِلُهُمْ جَنّٰتٍ
تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ فِيْهَآ اَبَدًا ؕ
وَعْدَ اللّٰهِ حَقًّا ؕ وَمَنْ اَصْدَقُ مِنَ اللّٰهِ قِيْلًا ﴿١٢٣﴾
لَيْسَ بِاَمَانِيِّكُمْ وَلَآ اَمَانِيِّ اَهْلِ الْكِتٰبِ ؕ مَنْ يَّعْمَلْ
سُوْٓءًا يُّجْزَ بِهٖ ۙ وَلَا يَجِدْ لَهٗ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ وَلِيًّا
وَّلَا نَصِيْرًا ﴿١٢٤﴾
وَمَنْ يَّعْمَلْ مِنَ الصّٰلِحٰتِ مِنْ ذَكَرٍ اَوْ اُنْثٰى وَهُوَ
مُؤْمِنٌ فَاُولٰٓئِكَ يَدْخُلُوْنَ الْجَنَّةَ وَلَا يُظْلَمُوْنَ
نَقِيْرًا ﴿١٢٥﴾
وَمَنْ اَحْسَنُ دِيْنًا مِّمَّنْ اَسْلَمَ وَجْهَهٗ لِلّٰهِ وَهُوَ
مُحْسِنٌ وَّاتَّبَعَ مِلَّةَ اِبْرٰهِيْمَ حَنِيْفًا ؕ وَاتَّخَذَ
اللّٰهُ اِبْرٰهِيْمَ خَلِيْلًا ﴿١٢٦﴾
وَلِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ ؕ وَكَانَ اللّٰهُ
بِكُلِّ شَيْءٍ مُّحِيْطًا ﴿١٢٧﴾ ع ١٨ ١٥
وَيَسْتَفْتُوْنَكَ فِي النِّسَآءِ ؕ قُلِ اللّٰهُ يُفْتِيْكُمْ فِيْهِنَّ ۙ وَ
مَا يُتْلٰى عَلَيْكُمْ فِي الْكِتٰبِ فِيْ يَتٰمَى النِّسَآءِ الّٰتِيْ لَا
تُؤْتُوْنَهُنَّ مَا كُتِبَ لَهُنَّ وَتَرْغَبُوْنَ اَنْ تَنْكِحُوْهُنَّ
وَالْمُسْتَضْعَفِيْنَ مِنَ الْوِلْدَانِ ۙ وَاَنْ تَقُوْمُوْا لِلْيَتٰمٰى
بِالْقِسْطِ ؕ وَمَا تَفْعَلُوْا مِنْ خَيْرٍ فَاِنَّ اللّٰهَ كَانَ بِهٖ

129. Kaj se iu virino timos malbonan traktadon aŭ indiferentecon de sia edzo, ne estos peko por ambaŭ, se ili provos repaciĝon inter si. La repaciĝo estas la plej bona. La homoj estas inklinaj al la avideco. Do agu bone kaj estu respektegemaj. Vere Allah bone scias, kion vi faras.

130. Vi neniam kapablos esti perfekte senpartia inter viaj edzinoj, eĉ se vi tion deziregas. Ne inkliniĝu tute al unu el ili, lasante la alian kvazaŭ suspendita. Se vi repaciĝos kaj respektegos, vere sciu: Allah estas senkulpigema, pardonema.

131. Kaj se ili disiros unu de la alia, Allah faros ilin sendependaj per Sia abundeco. Vere Allah estas malavara, saĝa.

132. Al Allah apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Kaj vere Ni ordonis al tiuj, al kiuj estis donita la Skribo antaŭ vi, kaj al vi, respektegi Allahon. Kaj se vi rifuzos, tiam sciu, ke estas de Allah ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Vere Allah estas memsufiĉa, laŭdegenda.

133. Al Allah apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Allah sufiĉas kiel defendanto.

134. Se Li volas, Li povas forpreni vin, ho homoj, kaj alporti aliajn. Allah havas povon super tio.

135. Kiu deziras la rekompencon de ĉi tiu vivo, sciu, ke ĉe Allah estas la rekompenco de ĉi tiu kaj de la venonta vivo. Allah estas ĉioaŭda, ĉiovida.

عَلِيمًا ﴿١٢٨﴾
وَإِنِ امْرَأَةٌ خَافَتْ مِنْ بَعْلِهَا نُشُوزًا أَوْ إِعْرَاضًا
فَلَا جُنَاحَ عَلَيْهِمَا أَنْ يُصْلِحَا بَيْنَهُمَا صُلْحًا وَالصُّلْحُ
خَيْرٌ وَأُحْضِرَتِ الْأَنْفُسُ الشُّحَّ وَإِنْ تُحْسِنُوا
وَتَتَّقُوا فَإِنَّ اللَّهَ كَانَ بِمَا تَعْمَلُونَ خَبِيرًا ﴿١٢٩﴾
وَلَنْ تَسْتَطِيعُوا أَنْ تَعْدِلُوا بَيْنَ النِّسَاءِ وَلَوْ حَرَصْتُمْ
فَلَا تَمِيلُوا كُلَّ الْمَيْلِ فَتَذَرُوهَا كَالْمُعَلَّقَةِ وَإِنْ
تُصْلِحُوا وَتَتَّقُوا فَإِنَّ اللَّهَ كَانَ غَفُورًا رَحِيمًا ﴿١٣٠﴾
وَإِنْ يَتَفَرَّقَا يُغْنِ اللَّهُ كُلًّا مِنْ سَعَتِهِ وَكَانَ اللَّهُ
وَاسِعًا حَكِيمًا ﴿١٣١﴾
وَلِلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ وَلَقَدْ وَصَّيْنَا
الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَابَ مِنْ قَبْلِكُمْ وَإِيَّاكُمْ أَنِ اتَّقُوا اللَّهَ
وَإِنْ تَكْفُرُوا فَإِنَّ لِلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ
وَكَانَ اللَّهُ غَنِيًّا حَمِيدًا ﴿١٣٢﴾
وَلِلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ وَكَفَىٰ بِاللَّهِ
وَكِيلًا ﴿١٣٣﴾
إِنْ يَشَأْ يُذْهِبْكُمْ أَيُّهَا النَّاسُ وَيَأْتِ بِآخَرِينَ
وَكَانَ اللَّهُ عَلَىٰ ذَٰلِكَ قَدِيرًا ﴿١٣٤﴾
مَنْ كَانَ يُرِيدُ ثَوَابَ الدُّنْيَا فَعِنْدَ اللَّهِ ثَوَابُ الدُّنْيَا
ع ١٩ وَالْآخِرَةِ وَكَانَ اللَّهُ سَمِيعًا بَصِيرًا ﴿١٣٥﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا كُونُوا قَوَّامِينَ بِالْقِسْطِ شُهَدَاءَ
لِلَّهِ وَلَوْ عَلَىٰ أَنْفُسِكُمْ أَوِ الْوَالِدَيْنِ وَالْأَقْرَبِينَ إِنْ

136. Ho vi, kredantoj! Estu firmaj en respekto de la justeco kiel atestantoj antaŭ Allah, ĉu kontraŭ vi mem, ĉu kontraŭ viaj gepatroj aŭ parencoj, ĉu vi estas riĉaj aŭ malriĉaj; Allah estas proksima al ambaŭ. Do ne sekvu la vanajn dezirojn, agu juste. Se vi kaŝos aŭ evitos la veron, vere Allah bone scias, kiel vi agas.

137. Ho vi, kredantoj! kredu je Allah kaj al Lia sendito kaj je la Libro, kiun Li sendis al Sia sendito, kaj je la Skribo, kiun Li sendis antaŭe. Kiu tamen ne kredas je Allah kaj je la anĝeloj kaj je Liaj Libroj kaj al Lia sendito kaj al la vivo venonta, tiu vere eraras per grandega eraro.

138. Vere tiujn, kiuj kredos, kaj poste miskredos, poste ree kredos, kaj poste ree miskredos, kaj eĉ plifirmiĝos je la miskredo, certe neniam Allah pardonos nek gvidos sur la vojon.

139. Sciigu al la hipokrituloj, ke por ili estos dolora puno.

140. Al tiuj, kiuj prenos miskredantojn kiel amikojn anstataŭ kredantojn: Ĉu ili serĉas ĉe ili honoron? Vere ĉiuj honoroj apartenas al Allah.

141. Li vere jam malkaŝis al vi (ho sendito!) en la Libro, ke, kiam vi aŭdos, ke la revelacioj de Allah estas rifuzataj kaj mokataj, vi ne plu sidu kun ili, ĝis ili ŝanĝos sian temon. Alie vi estus similaj al ili. Vere Allah kunigos ĉiujn hipokritulojn kaj miskredantojn en la inferon,

142. tiujn, kiuj atendas novaĵojn pri vi. Se al vi estos konsentita de Allah la venko, ili diros: "Ĉu ni ne estis kun vi? ". Se tamen la miskredantoj havos sukceson, ili diros al ĉi tiuj: "Ĉu ni ne helpis kaj defendis vin kontraŭ la kredantoj? ". Do Allah juĝos inter vi en la tago de la reviviĝo. Neniam lasos Allah la miskredantojn venki kontraŭ la kredantoj.

يَكُنْ غَنِيًّا اَوْ فَقِيْرًا فَاللّٰهُ اَوْلٰى بِهِمَا فَلَا تَتَّبِعُوا
الْهَوٰٓى اَنْ تَعْدِلُوْا وَاِنْ تَلْوٗٓا اَوْ تُعْرِضُوْا فَاِنَّ اللّٰهَ
كَانَ بِمَا تَعْمَلُوْنَ خَبِيْرًا ﴿١٣٥﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا اٰمِنُوْا بِاللّٰهِ وَرَسُوْلِهٖ وَالْكِتٰبِ الَّذِيْ
نَزَّلَ عَلٰى رَسُوْلِهٖ وَالْكِتٰبِ الَّذِيْٓ اَنْزَلَ مِنْ قَبْلُ وَمَنْ
يَّكْفُرْ بِاللّٰهِ وَمَلٰٓئِكَتِهٖ وَكُتُبِهٖ وَرُسُلِهٖ وَالْيَوْمِ الْاٰخِرِ فَقَدْ
ضَلَّ ضَلٰلًا بَعِيْدًا ﴿١٣٦﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا ثُمَّ كَفَرُوْا ثُمَّ اٰمَنُوْا ثُمَّ كَفَرُوْا ثُمَّ ازْدَادُوْا كُفْرًا
لَّمْ يَكُنِ اللّٰهُ لِيَغْفِرَ لَهُمْ وَلَا لِيَهْدِيَهُمْ سَبِيْلًا ﴿١٣٧﴾
بَشِّرِ الْمُنٰفِقِيْنَ بِاَنَّ لَهُمْ عَذَابًا اَلِيْمَا ﴿١٣٨﴾
الَّذِيْنَ يَتَّخِذُوْنَ الْكٰفِرِيْنَ اَوْلِيَآءَ مِنْ دُوْنِ
الْمُؤْمِنِيْنَ اَيَبْتَغُوْنَ عِنْدَهُمُ الْعِزَّةَ فَاِنَّ الْعِزَّةَ
لِلّٰهِ جَمِيْعًا ﴿١٣٩﴾
وَقَدْ نَزَّلَ عَلَيْكُمْ فِي الْكِتٰبِ اَنْ اِذَا سَمِعْتُمْ اٰيٰتِ
اللّٰهِ يُكْفَرُ بِهَا وَيُسْتَهْزَاُ بِهَا فَلَا تَقْعُدُوْا مَعَهُمْ
حَتّٰى يَخُوْضُوْا فِيْ حَدِيْثٍ غَيْرِهٖٓ اِنَّكُمْ اِذًا مِّثْلُهُمْ
اِنَّ اللّٰهَ جَامِعُ الْمُنٰفِقِيْنَ وَالْكٰفِرِيْنَ فِيْ جَهَنَّمَ
جَمِيْعًا ﴿١٤٠﴾
الَّذِيْنَ يَتَرَبَّصُوْنَ بِكُمْ فَاِنْ كَانَ لَكُمْ فَتْحٌ مِّنَ اللّٰهِ
قَالُوْٓا اَلَمْ نَكُنْ مَّعَكُمْ وَاِنْ كَانَ لِلْكٰفِرِيْنَ نَصِيْبٌ
قَالُوْٓا اَلَمْ نَسْتَحْوِذْ عَلَيْكُمْ وَنَمْنَعْكُمْ مِّنَ الْمُؤْمِنِيْنَ
فَاللّٰهُ يَحْكُمُ بَيْنَكُمْ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ وَلَنْ يَّجْعَلَ اللّٰهُ

143. La hipokrituloj klopodas trompi Allahon, sed Allah repagos ilin pro ilia trompo. Kiam ili staras por la preĝo, ili staras malvolonte, montras sin al la homoj kaj ne memoras Allahon, krom tre malmulte,

144. ŝanceliĝante tien kaj reen, apartenante nek al tiu nek al ĉi tiu. Tiu, al kiu Allah permesas eraradi, neniam trovos la vojon.

145. Ho vi, kredantoj! Ne prenu la miskredantojn kiel amikojn anstataŭ kredantojn! Ĉu vi volas doni al Allah pruvon evidentan kontraŭ vi mem?

146. Certe la hipokrituloj estos en la plej granda profundo de l' fajro, kaj vi ne trovos iun helpanton por ili.

147. Krom tiuj, kiuj pentos kaj pliboniĝos kaj sin tenos al Allah kaj estos sinceraj pri sia obeemo al Allah. Ili estas kun la kredantoj, kaj baldaŭ Allah konsentos al la kredantoj grandan rekompencon.

148. Kial Allah punus vin, se vi estas dankaj kaj kredantaj? Allah estas ŝatema, ĉioscia.

*

Fino de la 5-a parto

149. Allah ne amas la disvastigon de malbondiroj per babilado, krom se iun trafis maljusteco. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

150. Ĉu vi malkaŝas, ĉu vi kaŝas bonan agon aŭ pardonas malbonan agon, sciu: Allah estas kompatema, ĉiopova.

لِلْكٰفِرِيْنَ عَلَى الْمُؤْمِنِيْنَ سَبِيْلًا ﴿١٤٢﴾
اِنَّ الْمُنٰفِقِيْنَ يُخٰدِعُوْنَ اللّٰهَ وَهُوَ خَادِعُهُمْ ۚ وَاِذَا
قَامُوْٓا اِلَى الصَّلٰوةِ قَامُوْا كُسَالٰى ۙ يُرَآءُوْنَ النَّاسَ
وَلَا يَذْكُرُوْنَ اللّٰهَ اِلَّا قَلِيْلًا ﴿١٤٣﴾
مُّذَبْذَبِيْنَ بَيْنَ ذٰلِكَ ۖ لَآ اِلٰى هٰٓؤُلَآءِ وَلَآ اِلٰى هٰٓؤُلَآءِ ؕ
وَمَنْ يُّضْلِلِ اللّٰهُ فَلَنْ تَجِدَ لَهٗ سَبِيْلًا ﴿١٤٤﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَتَّخِذُوا الْكٰفِرِيْنَ اَوْلِيَآءَ مِنْ
دُوْنِ الْمُؤْمِنِيْنَ ؕ اَتُرِيْدُوْنَ اَنْ تَجْعَلُوْا لِلّٰهِ عَلَيْكُمْ
سُلْطٰنًا مُّبِيْنًا ﴿١٤٥﴾
اِنَّ الْمُنٰفِقِيْنَ فِى الدَّرْكِ الْاَسْفَلِ مِنَ النَّارِ ۚ وَلَنْ
تَجِدَ لَهُمْ نَصِيْرًا ﴿١٤٦﴾
اِلَّا الَّذِيْنَ تَابُوْا وَاَصْلَحُوْا وَاعْتَصَمُوْا بِاللّٰهِ وَاَخْلَصُوْا
دِيْنَهُمْ لِلّٰهِ فَاُولٰٓئِكَ مَعَ الْمُؤْمِنِيْنَ ؕ وَسَوْفَ يُؤْتِ
اللّٰهُ الْمُؤْمِنِيْنَ اَجْرًا عَظِيْمًا ﴿١٤٧﴾
مَا يَفْعَلُ اللّٰهُ بِعَذَابِكُمْ اِنْ شَكَرْتُمْ وَاٰمَنْتُمْ ؕ وَ
كَانَ اللّٰهُ شَاكِرًا عَلِيْمًا ﴿١٤٨﴾
لَا يُحِبُّ اللّٰهُ الْجَهْرَ بِالسُّوْٓءِ مِنَ الْقَوْلِ اِلَّا
مَنْ ظُلِمَ ؕ وَكَانَ اللّٰهُ سَمِيْعًا عَلِيْمًا ﴿١٤٩﴾
اِنْ تُبْدُوْا خَيْرًا اَوْ تُخْفُوْهُ اَوْ تَعْفُوْا عَنْ سُوْٓءٍ
فَاِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَفُوًّا قَدِيْرًا ﴿١٥٠﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ يَكْفُرُوْنَ بِاللّٰهِ وَرُسُلِهٖ وَيُرِيْدُوْنَ اَنْ
يُّفَرِّقُوْا بَيْنَ اللّٰهِ وَرُسُلِهٖ وَيَقُوْلُوْنَ نُؤْمِنُ بِبَعْضٍ

151. Kiuj ne kredas je Allah kaj al Liaj senditoj, kaj dezirus distingi inter Allah kaj Liaj senditoj kaj diras: "Je io ni kredas, ion alian ni rifuzas" kaj volus elekti mezan vojon,

152. tiuj estas vere miskredantoj. Ni pretigis por la miskredantoj hontigan punon.

153. Tiuj, kiuj kredas je Allah kaj al Liaj senditoj kaj neniel distingas inter ĉi tiuj, al ili baldaŭ estos donita la rekompenco. Allah estas senkulpigema, pardonema.

154. La popolo de la Skribo postulas, ke vi malsuprenvenigu Libron de la ĉielo, kaj vere ili postulis de Moseo eĉ agon pli gravan ol tiun. Ili diris: "Montru al ni la vizaĝon de Allah". Tiam frapis ilin la fulmo pro ilia peko. Poste ili prenis la bovidon, post kiam ili ricevis signojn evidentajn, tamen Ni pardonis eĉ tion, kaj Ni donis al Moseo evidentan povon.

155. Farante aliancon kun ili, Ni estigis la monton super ili kaj diris al ili: "Eniru la pordon humilege", kaj Ni diris al ili: "Ne transpaŝu la dekreton de la sabato", kaj Ni konkludis kun ili firman aliancon.

156. Poste ili rompis sian aliancon kaj rifuzis la signojn de Allah kaj maljuste mortigis la profetojn kaj diris: "Niaj koroj estas implikitaj" – Ne! Allah sigelis tiujn pro ilia miskredo, tiel ke ili kredis nur tre malmulte,

157. pro ilia miskredo kaj ĉar ili diris grandan kalumnion kontraŭ Maria,

وَ نَكْفُرُ بِبَعْضٍ وَّ يُرِيْدُوْنَ اَنْ يَّتَّخِذُوْا بَيْنَ
ذٰلِكَ سَبِيْلًا ۝١٥١
اُولٰٓئِكَ هُمُ الْكٰفِرُوْنَ حَقًّا ۚ وَ اَعْتَدْنَا لِلْكٰفِرِيْنَ
عَذَابًا مُّهِيْنًا ۝١٥٢
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا بِاللّٰهِ وَ رُسُلِهٖ وَ لَمْ يُفَرِّقُوْا بَيْنَ
اَحَدٍ مِّنْهُمْ اُولٰٓئِكَ سَوْفَ يُؤْتِيْهِمْ اُجُوْرَهُمْ ۗ وَ
كَانَ اللّٰهُ غَفُوْرًا رَّحِيْمًا ۝١٥٣ ع
يَسْـَٔلُكَ اَهْلُ الْكِتٰبِ اَنْ تُنَزِّلَ عَلَيْهِمْ كِتٰبًا مِّنَ
السَّمَآءِ فَقَدْ سَاَلُوْا مُوْسٰٓى اَكْبَرَ مِنْ ذٰلِكَ فَقَالُوْٓا
اَرِنَا اللّٰهَ جَهْرَةً فَاَخَذَتْهُمُ الصّٰعِقَةُ بِظُلْمِهِمْ ۚ
ثُمَّ اتَّخَذُوا الْعِجْلَ مِنْۢ بَعْدِ مَا جَآءَتْهُمُ الْبَيِّنٰتُ
فَعَفَوْنَا عَنْ ذٰلِكَ ۚ وَ اٰتَيْنَا مُوْسٰى سُلْطٰنًا
مُّبِيْنًا ۝١٥٤
وَ رَفَعْنَا فَوْقَهُمُ الطُّوْرَ بِمِيْثَاقِهِمْ وَ قُلْنَا لَهُمُ
ادْخُلُوا الْبَابَ سُجَّدًا وَّ قُلْنَا لَهُمْ لَا تَعْدُوْا فِي
السَّبْتِ وَ اَخَذْنَا مِنْهُمْ مِّيْثَاقًا غَلِيْظًا ۝١٥٥
فَبِمَا نَقْضِهِمْ مِّيْثَاقَهُمْ وَ كُفْرِهِمْ بِاٰيٰتِ اللّٰهِ
وَ قَتْلِهِمُ الْاَنْۢبِيَآءَ بِغَيْرِ حَقٍّ وَّ قَوْلِهِمْ قُلُوْبُنَا
غُلْفٌ ۭ بَلْ طَبَعَ اللّٰهُ عَلَيْهَا بِكُفْرِهِمْ فَلَا يُؤْمِنُوْنَ
اِلَّا قَلِيْلًا ۝١٥٦
وَّ بِكُفْرِهِمْ وَ قَوْلِهِمْ عَلٰى مَرْيَمَ بُهْتَانًا
عَظِيْمًا ۝١٥٧

158. kaj pro ilia anonco: "Ni mortigis la Mesion, Jesuon, filon de Maria, senditon de Allah". Tute kontraŭe, ili ne frapmortigis nek mortigis lin per la kruco, sed li nur tiel ŝajnis al ili; vere tiuj, kiuj malkonsentas pri tio, estas en dubo. Ili ne havas certan scion, sed nur sekvas supozon pri tio. Pri tio ili ne atingis certecon.

وَّقَوْلِهِمْ إِنَّا قَتَلْنَا الْمَسِيحَ عِيسَى ابْنَ مَرْيَمَ
رَسُولَ اللَّهِ ۚ وَمَا قَتَلُوهُ وَمَا صَلَبُوهُ وَلَٰكِن شُبِّهَ
لَهُمْ ۚ وَإِنَّ الَّذِينَ اخْتَلَفُوا فِيهِ لَفِي شَكٍّ مِّنْهُ ۚ
مَا لَهُم بِهِ مِنْ عِلْمٍ إِلَّا اتِّبَاعَ الظَّنِّ ۚ وَمَا قَتَلُوهُ
يَقِينًا ﴿١٥٨﴾

159. Ne! Allah male suprenlevis lin al Si. Allah estas ĉiopova, saĝa.

بَل رَّفَعَهُ اللَّهُ إِلَيْهِ ۚ وَكَانَ اللَّهُ عَزِيزًا حَكِيمًا ﴿١٥٩﴾

160. Inter la popolo de la Skribo ne estas iu ajn, kiu ne kredus je tio antaŭ sia morto. En la tago de la reviviĝo li (Jesuo) estos atestanto kontraŭ ili.

وَإِن مِّنْ أَهْلِ الْكِتَابِ إِلَّا لَيُؤْمِنَنَّ بِهِ قَبْلَ مَوْتِهِ ۖ
وَيَوْمَ الْقِيَامَةِ يَكُونُ عَلَيْهِمْ شَهِيدًا ﴿١٦٠﴾

161. Pro tio, pro la kulpoj de la Judoj, Ni malpermesis al ili iujn bonajn aĵojn, kiuj antaŭe estis permesitaj, kaj ĉar ili devojigas multajn de la afero de Allah,

فَبِظُلْمٍ مِّنَ الَّذِينَ هَادُوا حَرَّمْنَا عَلَيْهِمْ طَيِّبَاتٍ
أُحِلَّتْ لَهُمْ وَبِصَدِّهِمْ عَن سَبِيلِ اللَّهِ كَثِيرًا ﴿١٦١﴾

162. kaj ĉar ili prenis procentegon, kvankam tio estis malpermesita, kaj ĉar ili maljuste formanĝis la posedaĵojn de la homoj. Por la miskredantoj inter ili Ni pretigis doloran punon,

وَأَخْذِهِمُ الرِّبَا وَقَدْ نُهُوا عَنْهُ وَأَكْلِهِمْ أَمْوَالَ
النَّاسِ بِالْبَاطِلِ ۚ وَأَعْتَدْنَا لِلْكَافِرِينَ مِنْهُمْ
عَذَابًا أَلِيمًا ﴿١٦٢﴾

163. sed al tiuj, kies scio bone enradikiĝis, kaj al la kredantoj, kiuj kredas je tio, kio estis sendita al vi, kaj je tio, kio estis sendita antaŭ vi, kaj levas la preĝon kaj disdonas almozojn kaj kredas je Allah kaj al la vivo venonta, al tiuj Ni donos grandan rekompencon.

لَّٰكِنِ الرَّاسِخُونَ فِي الْعِلْمِ مِنْهُمْ وَالْمُؤْمِنُونَ يُؤْمِنُونَ
بِمَا أُنزِلَ إِلَيْكَ وَمَا أُنزِلَ مِن قَبْلِكَ ۚ وَالْمُقِيمِينَ
الصَّلَاةَ ۚ وَالْمُؤْتُونَ الزَّكَاةَ وَالْمُؤْمِنُونَ بِاللَّهِ وَ
الْيَوْمِ الْآخِرِ أُولَٰئِكَ سَنُؤْتِيهِمْ أَجْرًا عَظِيمًا ﴿١٦٣﴾ ع ٢٢ ٢

164. Vere Ni sendis revelacion al vi, kiel Ni antaŭe sendis al Noa kaj al la profetoj post li; kaj Ni sendis revelacion al Abraham kaj Iŝmael kaj Isaak kaj Jakob kaj al la gentoj kaj al Jesuo kaj Ijob kaj Jona kaj Aaron kaj Salomono, kaj Ni donis al David la psalmojn.

إِنَّا أَوْحَيْنَا إِلَيْكَ كَمَا أَوْحَيْنَا إِلَىٰ نُوحٍ وَالنَّبِيِّينَ
مِن بَعْدِهِ ۚ وَأَوْحَيْنَا إِلَىٰ إِبْرَاهِيمَ وَإِسْمَاعِيلَ وَ
إِسْحَاقَ وَيَعْقُوبَ وَالْأَسْبَاطِ وَعِيسَىٰ وَأَيُّوبَ
وَيُونُسَ وَهَارُونَ وَسُلَيْمَانَ ۚ وَآتَيْنَا دَاوُودَ
زَبُورًا ﴿١٦٤﴾

165. Estas iuj senditoj, pri kiuj Ni antaŭe ĉion klarigis al vi, kaj aliaj senditoj, pri kiuj Ni ne klarigis ion ajn al vi – tamen Allah parolis al Moseo malkaŝe –,

166. senditoj, alportantoj de bonaj novaĵoj kaj admonantoj, por ke la homoj ne havu kaŭzon protesti kontraŭ Allah nek kontraŭ la senditoj. Allah estas ĉiopova, saĝa.

167. Allah tamen atestas, ke,kion Li sendis al vi, Li sendis tute konscie, kaj ankaŭ la anĝeloj estas atestantoj. Allah sufiĉas kiel atestanto.

168. La miskredantoj kaj tiuj, kiuj devojigas de la afero de Allah, vere eraris per grandega eraro.

169. Vere, la miskredantojn kaj la malbonfarantojn vere Allah ne pardonos, nek gvidos sur la vojon,

170. krom sur la vojon de l' infero, por ke ili restu tie ĉiam kaj eterne. Tio estas facila por Allah.

171. Ho vi, homoj! Al vi vere venis sendito kun la vero de via Sinjoro, do kredu: tio estas pli bona por vi. Se vi tamen rifuzos, tiam vere sciu: al Allah apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Allah estas ĉioscia, saĝa.

172. Ho vi, popolo de la Skribo! Ne troigu je via religio, sed diru pri Allah nur la veron. Vere la Mesio Jesuo, filo de Maria, estis sendito de Allah kaj bona novaĵo de Li, kiun Li sendis al Maria, kaj graco de Li, do kredu je Allah kaj al Liaj senditoj kaj ne diru: "Tri". Forlasu do, estos pli bone por vi. Vere Allah estas Dio ununura. Malkonvenas al Lia sankteco havi filon. Al Li apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Allah sufiĉas kiel defendanto.

وَرُسُلًا قَدْ قَصَصْنٰهُمْ عَلَيْكَ مِنْ قَبْلُ وَرُسُلًا
لَّمْ نَقْصُصْهُمْ عَلَيْكَ ۚ وَكَلَّمَ اللّٰهُ مُوْسٰى تَكْلِيْمًا ﴿١٦٥﴾
رُسُلًا مُّبَشِّرِيْنَ وَمُنْذِرِيْنَ لِئَلَّا يَكُوْنَ لِلنَّاسِ
عَلَى اللّٰهِ حُجَّةٌ ۢ بَعْدَ الرُّسُلِ ۗ وَكَانَ اللّٰهُ عَزِيْزًا
حَكِيْمًا ﴿١٦٦﴾
لٰكِنِ اللّٰهُ يَشْهَدُ بِمَآ اَنْزَلَ اِلَيْكَ اَنْزَلَهٗ بِعِلْمِهٖ ۚ
وَالْمَلٰٓئِكَةُ يَشْهَدُوْنَ ۗ وَكَفٰى بِاللّٰهِ شَهِيْدًا ﴿١٦٧﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَصَدُّوْا عَنْ سَبِيْلِ اللّٰهِ قَدْ ضَلُّوْا
ضَلٰلًا ۢ بَعِيْدًا ﴿١٦٨﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَظَلَمُوْا لَمْ يَكُنِ اللّٰهُ لِيَغْفِرَ لَهُمْ
وَلَا لِيَهْدِيَهُمْ طَرِيْقًا ﴿١٦٩﴾
اِلَّا طَرِيْقَ جَهَنَّمَ خٰلِدِيْنَ فِيْهَآ اَبَدًا ۗ وَكَانَ ذٰلِكَ
عَلَى اللّٰهِ يَسِيْرًا ﴿١٧٠﴾
يٰٓاَيُّهَا النَّاسُ قَدْ جَآءَكُمُ الرَّسُوْلُ بِالْحَقِّ مِنْ
رَّبِّكُمْ فَاٰمِنُوْا خَيْرًا لَّكُمْ ۗ وَاِنْ تَكْفُرُوْا فَاِنَّ لِلّٰهِ مَا
فِي السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۗ وَكَانَ اللّٰهُ عَلِيْمًا حَكِيْمًا ﴿١٧١﴾
يٰٓاَهْلَ الْكِتٰبِ لَا تَغْلُوْا فِيْ دِيْنِكُمْ وَلَا تَقُوْلُوْا عَلَى
اللّٰهِ اِلَّا الْحَقَّ ۗ اِنَّمَا الْمَسِيْحُ عِيْسَى ابْنُ مَرْيَمَ
رَسُوْلُ اللّٰهِ وَكَلِمَتُهٗ ۚ اَلْقٰهَآ اِلٰى مَرْيَمَ وَرُوْحٌ مِّنْهُ ۫
فَاٰمِنُوْا بِاللّٰهِ وَرُسُلِهٖ ۚ وَلَا تَقُوْلُوْا ثَلٰثَةٌ ۗ اِنْتَهُوْا
خَيْرًا لَّكُمْ ۗ اِنَّمَا اللّٰهُ اِلٰهٌ وَّاحِدٌ ۗ سُبْحٰنَهٗٓ اَنْ يَّكُوْنَ
لَهٗ وَلَدٌ ۘ لَهٗ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ ۗ وَكَفٰى

173. Nek la Mesio nek la diproksimaj anĝeloj iam rifuzos esti servantoj de Allah; kiu rifuzos adori Lin kaj fieriĝos, – Li kunigos ilin ĉiujn ĉe Si.

174. Al tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, Li donos ilian rekompencon kaj eĉ pli multe pro Sia graco; tiujn, kiuj estos rifuzintaj kaj fieriĝintaj, Li punos per dolora puno. Ili ne trovos por si mem, krom Allahon, protektanton nek helpanton.

175. Ho vi, homoj! Vere venis al vi de via Sinjoro evidenta pruvo kaj Ni sendis al vi helan lumon.

176. Do la kredantojn kaj tiujn, kiuj firme sin apogas al Li, Li kondukos pro Sia graco kaj pro Sia favoro kaj Li gvidos ilin sur la rektan vojon.

177. Ili demandas vin pri la instruo. Diru: "Allah instruis vin pri la persono, kiu ne havas gepatrojn nek infanojn. Kiam viro mortas kaj ne postlasas infanojn, sed li havas fratinon, ŝi ricevu la duonon de la heredaĵo, kaj li heredu de ŝi, se ŝi ne havas infanojn. Sed se estas du fratinoj, tiam ili ricevu du trionojn de la heredaĵo. Se estas fratoj kaj fratinoj, tiam ricevu ĉiu vira la parton de du virinaj. Allah klarigas tion al vi, por ke vi ne devojiĝu. Allah bone scias ĉiuj aferojn.

بِاللّٰهِ وَكِيْلًا ﴿١٧٢﴾ ع ٢٣
لَنْ يَّسْتَنْكِفَ الْمَسِيْحُ اَنْ يَّكُوْنَ عَبْدًا لِّلّٰهِ وَلَا ٣
الْمَلٰٓئِكَةُ الْمُقَرَّبُوْنَ ۭ وَمَنْ يَّسْتَنْكِفْ عَنْ عِبَادَتِهٖ وَ
يَسْتَكْبِرْ فَسَيَحْشُرُهُمْ اِلَيْهِ جَمِيْعًا ﴿١٧٣﴾
فَاَمَّا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ فَيُوَفِّيْهِمْ اُجُوْرَهُمْ
وَيَزِيْدُهُمْ مِّنْ فَضْلِهٖ ۚ وَاَمَّا الَّذِيْنَ اسْتَنْكَفُوْا وَ
اسْتَكْبَرُوْا فَيُعَذِّبُهُمْ عَذَابًا اَلِيْمًا ۙ وَّلَا يَجِدُوْنَ
لَهُمْ مِّنْ دُوْنِ اللّٰهِ وَلِيًّا وَّلَا نَصِيْرًا ﴿١٧٤﴾
يٰٓاَيُّهَا النَّاسُ قَدْ جَآءَكُمْ بُرْهَانٌ مِّنْ رَّبِّكُمْ وَ
اَنْزَلْنَآ اِلَيْكُمْ نُوْرًا مُّبِيْنًا ﴿١٧٥﴾
فَاَمَّا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا بِاللّٰهِ وَاعْتَصَمُوْا بِهٖ فَسَيُدْخِلُهُمْ
فِيْ رَحْمَةٍ مِّنْهُ وَفَضْلٍ ۙ وَّيَهْدِيْهِمْ اِلَيْهِ صِرَاطًا
مُّسْتَقِيْمًا ﴿١٧٦﴾
يَسْتَفْتُوْنَكَ ۭ قُلِ اللّٰهُ يُفْتِيْكُمْ فِي الْكَلٰلَةِ ۭ اِنِ امْرُؤٌا
هَلَكَ لَيْسَ لَهٗ وَلَدٌ وَّلَهٗٓ اُخْتٌ فَلَهَا نِصْفُ مَا تَرَكَ ۚ
وَهُوَ يَرِثُهَآ اِنْ لَّمْ يَكُنْ لَّهَا وَلَدٌ ۭ فَاِنْ كَانَتَا اثْنَتَيْنِ
فَلَهُمَا الثُّلُثٰنِ مِمَّا تَرَكَ ۭ وَاِنْ كَانُوْٓا اِخْوَةً رِّجَالًا
وَّنِسَآءً فَلِلذَّكَرِ مِثْلُ حَظِّ الْاُنْثَيَيْنِ ۭ يُبَيِّنُ اللّٰهُ
لَكُمْ اَنْ تَضِلُّوْا ۭ وَاللّٰهُ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيْمٌ ﴿١٧٧﴾ ع ٢٤

سُوْرَةُ الْمَآئِدَةِ مَدَنِيَّةٌ (٥)

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho vi, kredantoj! Respektu la aliancojn. Permesitaj estas al vi la bestoj kvarpiedaj krom tio, kio estis dirita al vi; ne estos permesite al vi ĉasi dum la pilgrimo. Vere Allah ordonas, kion Li volas.

3. Ho vi, kredantoj! Ne profanu la signojn de Allah, nek la sanktan monaton, nek la bestojn de la oferbuĉo, nek tiujn kun la girlando, nek la vojaĝantojn al la Domo sankta, kiuj deziregas la gracon de sia Sinjoro kaj Lian plezuron. Kiam vi estos deponintaj la vestaĵon de la pilgrimo, vi povas ĉasi. La malamikeco de popolo, kiu devigis vin resti malproksime de la sankta moskeo, ne igu vin ekscesi, kaj vi helpu unu la alian pri justeco kaj pieco; tamen vi ne helpu unu la alian pri peko kaj eksceso. Respektegu Allahon, vere Allah estas severa je la puno.

4. Estas malpermesita al vi ĉia mortintaĵo, kaj la sango, kaj la karno porka, kaj ĉio, super kio alia nomo estas vokita ol tiu de Allah, kaj ĉio sufokita, kaj ĉio mortbatita kaj elĵetita aŭ mortigita per kornofrapo, kaj ĉio maĉita de sovaĝa besto, – do ĉio krom tio, kion vi buĉis, – kaj ĉio oferita sur la altaro al la idoloj; ne elserĉu vian sorton per sagoj; tio estas malobeo. Hodiaŭ la miskredantoj malesperas forigi vian religion, do ne timu ilin sed respektegu Min. Hodiaŭ Mi perfektigis por vi vian religion, kaj Mi plenumis Mian gracon por vi, kaj Mi elektis por vi la Islamon kiel religion. Kiu tamen estos puŝata de malsato – sen intenca pekemo, – tiam li sciu: Allah estas senkulpigema, pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْۤا اَوْفُوْا بِالْعُقُوْدِ ؕ اُحِلَّتْ لَكُمْ
بَهِيْمَةُ الْاَنْعَامِ اِلَّا مَا يُتْلٰى عَلَيْكُمْ غَيْرَ مُحِلِّى الصَّيْدِ
وَاَنْتُمْ حُرُمٌ ؕ اِنَّ اللّٰهَ يَحْكُمُ مَا يُرِيْدُ ②
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تُحِلُّوْا شَعَآئِرَ اللّٰهِ وَلَا الشَّهْرَ
الْحَرَامَ وَلَا الْهَدْيَ وَلَا الْقَلَآئِدَ وَلَاۤ اٰمِّيْنَ الْبَيْتَ
الْحَرَامَ يَبْتَغُوْنَ فَضْلًا مِّنْ رَّبِّهِمْ وَرِضْوَانًا ؕ وَاِذَا
حَلَلْتُمْ فَاصْطَادُوْا ؕ وَلَا يَجْرِمَنَّكُمْ شَنَاٰنُ قَوْمٍ اَنْ
صَدُّوْكُمْ عَنِ الْمَسْجِدِ الْحَرَامِ اَنْ تَعْتَدُوْا ۘ وَتَعَاوَنُوْا
عَلَى الْبِرِّ وَالتَّقْوٰى ۪ وَلَا تَعَاوَنُوْا عَلَى الْاِثْمِ وَالْعُدْوَانِ
وَاتَّقُوا اللّٰهَ ؕ اِنَّ اللّٰهَ شَدِيْدُ الْعِقَابِ ③
حُرِّمَتْ عَلَيْكُمُ الْمَيْتَةُ وَالدَّمُ وَلَحْمُ الْخِنْزِيْرِ وَ
مَاۤ اُهِلَّ لِغَيْرِ اللّٰهِ بِهٖ وَالْمُنْخَنِقَةُ وَالْمَوْقُوْذَةُ وَالْمُتَرَدِّيَةُ
وَالنَّطِيْحَةُ وَمَاۤ اَكَلَ السَّبُعُ اِلَّا مَا ذَكَّيْتُمْ ۫ وَمَا ذُبِحَ
عَلَى النُّصُبِ وَاَنْ تَسْتَقْسِمُوْا بِالْاَزْلَامِ ؕ ذٰلِكُمْ فِسْقٌ ؕ
اَلْيَوْمَ يَئِسَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا مِنْ دِيْنِكُمْ فَلَا تَخْشَوْهُمْ
وَاخْشَوْنِ ؕ اَلْيَوْمَ اَكْمَلْتُ لَكُمْ دِيْنَكُمْ وَاَتْمَمْتُ عَلَيْكُمْ
نِعْمَتِيْ وَرَضِيْتُ لَكُمُ الْاِسْلَامَ دِيْنًا ؕ فَمَنِ اضْطُرَّ فِيْ
مَخْمَصَةٍ غَيْرَ مُتَجَانِفٍ لِّاِثْمٍ ۙ فَاِنَّ اللّٰهَ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ④

* v. la verson 113an k.sekv.

5. Ili demandos vin, kio estas permesita al ili. Diru: "Ĉio bona estas permesita al vi, kaj ĉio, kion vi instruis al la rabobestoj kapti, dresante ilin por la ĉaso kaj instruante al ili, kion Allah instruis al vi. Manĝu do el tio, kion vi kaptis por vi mem, kaj eldiru la nomon de Allah super ĝi, kaj respektegu Allahon. Vere Allah estas rapida je l' juĝo.

يسئلونك ماذا أحل لهم قل أحل لكم الطيبت
وما علمتم من الجوارح مكلبين تعلمونهن مما
علمكم الله فكلوا مما أمسكن عليكم واذكروا اسم
الله عليه واتقوا الله إن الله سريع الحساب ﴿٥﴾

6. Hodiaŭ estas permesita al vi ĉio bona; kaj la manĝaĵoj de tiuj, al kiuj estis donita la Skribo, estas permesitaj al vi, kaj viaj manĝaĵoj estas permesitaj al ili. Permesitaj al vi estas ĉastaj kredantinoj kaj ĉastaj virinoj el tiuj, al kiuj la Skribo estis donita antaŭ ol al vi, se vi donos al ili doton, en vera geedziĝo, ne adulte nek prenante konkubinon. Kiu rifuzos la kredon, vere ties verko estos neniigita kaj li estos unu el la perdantoj en la vivo venonta.

اليوم أحل لكم الطيبت وطعام الذين أوتوا الكتب
حل لكم وطعامكم حل لهم والمحصنت من
المؤمنت والمحصنت من الذين أوتوا الكتب
من قبلكم إذا اتيتموهن أجورهن محصنين
غير مسفحين ولا متخذي أخدان ومن يكفر
بالإيمان فقد حبط عمله وهو في الآخرة من
الخسرين ﴿٦﴾ ع

7. Ho vi, kredantoj! Kiam vi stariĝas por la preĝo, vi lavu vian vizaĝon kaj viajn manojn ĝis la kubutoj, kaj tuŝetu vian kapon, kaj lavu viajn piedojn ĝis la maleoloj. Kiam vi estas malpuraj, purigu vin; se vi tamen estas malsanaj aŭ en vojaĝo, aŭ iu el vi venas de la necesejo, aŭ vi ĵus unuiĝis kun la virinoj kaj vi ne trovas akvon, tiam prenu puran sablon kaj frotu per ĝi vian vizaĝon kaj viajn manojn. Allah ne volas konduki vin en malfacilaĵojn, tute kontraŭe, Li volas purigi vin kaj plenumi Sian gracon por vi, por ke vi estu dankaj.

يأيها الذين امنوا إذا قمتم إلى الصلوة فاغسلوا
وجوهكم وأيديكم إلى المرافق وامسحوا برءوسكم
وأرجلكم إلى الكعبين وإن كنتم جنبا فاطهروا
وإن كنتم مرضى أو على سفر أو جاء أحد منكم من
الغائط أو لمستم النساء فلم تجدوا ماء فتيمموا
صعيدا طيبا فامسحوا بوجوهكم وأيديكم منه
ما يريد الله ليجعل عليكم من حرج ولكن يريد
ليطهركم وليتم نعمته عليكم لعلكم تشكرون ﴿٧﴾

8. Memoru la favorojn de Allah al vi kaj la aliancon, kiun Li konkludis kun vi, kiam vi diris: "Ni aŭdas kaj ni obeos", kaj respektegu Allahon. Vere Allah bone scias, kio estas en la brustoj.

واذكروا نعمة الله عليكم وميثاقه الذي واثقكم
به إذ قلتم سمعنا وأطعنا واتقوا الله إن الله
عليم بذات الصدور ﴿٨﴾

9. Ho vi, kredantoj! Estu persistemaj pri la afero de Allah, atestante en justeco, kaj ne instigu vin la malamikeco de iu popolo agi alie ol juste. Estu justaj; tio estas pli konforma al la respektego, kaj respektegu Allahon. Vere Allah bone scias, kion vi faras.

10. Allah promesis al la kredantoj kaj al la bonfarantoj, ke por ili estos pardono kaj granda rekompenco.

11. La miskredantoj kaj la rifuzantoj de Niaj signoj estos loĝantoj de l' infero.

12. Ho vi, kredantoj! Memoru la favorojn de Allah al vi, kiam iu popolo provis levi siajn manojn kontraŭ vi. Li tamen haltigis iliajn manojn for de vi. Respektegu Allahon. Je Allah fidu la kredantoj.

13. Vere Allah faris aliancon kun la idoj de Izrael. Kaj Ni estigis el ili dekdu estrojn. Kaj Allah diris: "Vere Mi estas kun vi, se vi levas la preĝon kaj donas almozojn kaj kredas al Niaj senditoj kaj subtenas ilin kaj donas al Allah libervolan prunton. Mi forprenos de vi viajn pekojn kaj kondukos vin en la ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj. Kiu tamen el vi poste denove miskredos, tiu vere deflankiĝos de la rekta vojo.

14. Do Ni malbenis ilin, ĉar ili rompis sian aliancon, kaj Ni malmoligis iliajn korojn. Ili distordas la vortojn el ilia ĝusta senco kaj forgesas iom el tio, per kio ili estis admonitaj. Kaj vi ne ĉesos malkovri perfidon ĉe ili, krom malmultaj el ili. Do pardonu kaj turnu vin for de ili. Vere Allah amas la bonfarantojn.

يٰٓأَيُّهَا الَّذِينَ اٰمَنُوا كُونُوا قَوّٰمِينَ لِلّٰهِ شُهَدَآءَ بِالْقِسْطِ
وَلَا يَجْرِمَنَّكُمْ شَنَاٰنُ قَوْمٍ عَلٰٓى أَلَّا تَعْدِلُوا اعْدِلُوا
هُوَ أَقْرَبُ لِلتَّقْوٰى وَاتَّقُوا اللّٰهَ إِنَّ اللّٰهَ خَبِيرٌۢ بِمَا
تَعْمَلُونَ ﴿٩﴾
وَعَدَ اللّٰهُ الَّذِينَ اٰمَنُوا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَهُمْ
مَّغْفِرَةٌ وَّأَجْرٌ عَظِيمٌ ﴿١٠﴾
وَالَّذِينَ كَفَرُوا وَكَذَّبُوا بِاٰيٰتِنَآ أُولٰٓئِكَ أَصْحٰبُ الْجَحِيمِ ﴿١١﴾
يٰٓأَيُّهَا الَّذِينَ اٰمَنُوا اذْكُرُوا نِعْمَتَ اللّٰهِ عَلَيْكُمْ إِذْ هَمَّ
قَوْمٌ أَنْ يَّبْسُطُوٓا إِلَيْكُمْ أَيْدِيَهُمْ فَكَفَّ أَيْدِيَهُمْ
عَنْكُمْ وَاتَّقُوا اللّٰهَ وَعَلَى اللّٰهِ فَلْيَتَوَكَّلِ الْمُؤْمِنُونَ ﴿١٢﴾ ع
وَلَقَدْ أَخَذَ اللّٰهُ مِيثَاقَ بَنِيٓ إِسْرَآءِيلَ وَبَعَثْنَا مِنْهُمُ
اثْنَيْ عَشَرَ نَقِيبًا وَقَالَ اللّٰهُ إِنِّي مَعَكُمْ لَئِنْ أَقَمْتُمُ
الصَّلٰوةَ وَاٰتَيْتُمُ الزَّكٰوةَ وَاٰمَنْتُمْ بِرُسُلِي وَعَزَّرْتُمُوهُمْ
وَأَقْرَضْتُمُ اللّٰهَ قَرْضًا حَسَنًا لَّأُكَفِّرَنَّ عَنْكُمْ سَيِّاٰتِكُمْ
وَلَأُدْخِلَنَّكُمْ جَنّٰتٍ تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهٰرُ فَمَنْ
كَفَرَ بَعْدَ ذٰلِكَ مِنْكُمْ فَقَدْ ضَلَّ سَوَآءَ السَّبِيلِ ﴿١٣﴾
فَبِمَا نَقْضِهِمْ مِّيثَاقَهُمْ لَعَنّٰهُمْ وَجَعَلْنَا قُلُوبَهُمْ
قٰسِيَةً يُحَرِّفُونَ الْكَلِمَ عَنْ مَّوَاضِعِهِ وَنَسُوا حَظًّا
مِّمَّا ذُكِّرُوا بِهِ وَلَا تَزَالُ تَطَّلِعُ عَلٰى خَآئِنَةٍ مِّنْهُمْ
إِلَّا قَلِيلًا مِّنْهُمْ فَاعْفُ عَنْهُمْ وَاصْفَحْ إِنَّ اللّٰهَ يُحِبُّ
الْمُحْسِنِينَ ﴿١٤﴾
وَمِنَ الَّذِينَ قَالُوٓا إِنَّا نَصٰرٰىٓ أَخَذْنَا مِيثَاقَهُمْ فَنَسُوا

15. Ankaŭ kun tiuj, kiuj diras: "Ni estas Kristanoj", Ni faris aliancon, sed ili forgesis iom el tio, pri kio ili estis admonitaj. Pro tio Ni estigis malamikecon kaj malamon inter ili ĝis la tago de la reviviĝo. Baldaŭ Allah sciigos al ili, kion ili faris.

16. Ho popolo de la Skribo! Vere venis al vi Nia sendito por klarigi al vi multajn aĵojn el la Skribo, kiujn vi kaŝis, kaj por preterpasi multajn. Vere venis al vi lumo de Allah kaj klara libro,

17. per kiu Allah gvidas tiun, kiu sekvas Lian plezuron por la afero de la paco, kaj Li kondukas ilin el la mallumo al la lumo per Sia dekreto, kaj gvidas ilin al la rekta vojo.

18. Vere estas miskredantoj tiuj, kiuj diras: "Vere Allah estas la Mesio, filo de Maria". Diru: "Kiu do povus ion ajn kontraŭ Allah, se Li intencus neniigi la Mesion, la filon de Maria, kaj lian patrinon kaj ĉion, kio estas sur la tero? De Allah estas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ. Li kreas, kion Li volas. Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

19. Diras la Judoj kaj la Kristanoj: "Ni estas filoj de Allah kaj Liaj preferatoj". Diru: "Kial do Li punas vin pro viaj pekoj? Ne! Vi estas nur homidoj el tiuj, kiujn Li kreis". Li senkulpigas, kiun Li volas, kaj punas, kiun Li volas, kaj de Allah estas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ, kaj al Li estos la reveno.

20. Ho vi popolo de la Skribo! Vere venis al vi Nia sendito, por klarigi al vi post interrompo de la serio de la senditoj, por ke vi ne diru: "Ne venis al ni iu ajn portanto de bona novaĵo aŭ admonanto". Vere venis al vi portanto de bona novaĵo kaj admonanto. Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

حَظًّا مِّمَّا ذُكِّرُوا بِهِ ۚ فَأَغْرَيْنَا بَيْنَهُمُ الْعَدَاوَةَ وَالْبَغْضَاءَ
إِلَىٰ يَوْمِ الْقِيَامَةِ ۚ وَسَوْفَ يُنَبِّئُهُمُ اللَّهُ بِمَا كَانُوا
يَصْنَعُونَ ﴿١٥﴾
يَا أَهْلَ الْكِتَابِ قَدْ جَاءَكُمْ رَسُولُنَا يُبَيِّنُ لَكُمْ كَثِيرًا
مِّمَّا كُنتُمْ تُخْفُونَ مِنَ الْكِتَابِ وَيَعْفُو عَن كَثِيرٍ ۚ
قَدْ جَاءَكُم مِّنَ اللَّهِ نُورٌ وَكِتَابٌ مُّبِينٌ ﴿١٦﴾
يَهْدِي بِهِ اللَّهُ مَنِ اتَّبَعَ رِضْوَانَهُ سُبُلَ السَّلَامِ
وَيُخْرِجُهُم مِّنَ الظُّلُمَاتِ إِلَى النُّورِ بِإِذْنِهِ وَيَهْدِيهِمْ
إِلَىٰ صِرَاطٍ مُّسْتَقِيمٍ ﴿١٧﴾
لَّقَدْ كَفَرَ الَّذِينَ قَالُوا إِنَّ اللَّهَ هُوَ الْمَسِيحُ ابْنُ مَرْيَمَ ۚ
قُلْ فَمَن يَمْلِكُ مِنَ اللَّهِ شَيْئًا إِنْ أَرَادَ أَن يُهْلِكَ
الْمَسِيحَ ابْنَ مَرْيَمَ وَأُمَّهُ وَمَن فِي الْأَرْضِ جَمِيعًا ۗ
وَلِلَّهِ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَا ۚ يَخْلُقُ
مَا يَشَاءُ ۚ وَاللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿١٨﴾
وَقَالَتِ الْيَهُودُ وَالنَّصَارَىٰ نَحْنُ أَبْنَاءُ اللَّهِ وَأَحِبَّاؤُهُ ۚ
قُلْ فَلِمَ يُعَذِّبُكُم بِذُنُوبِكُم ۖ بَلْ أَنتُم بَشَرٌ مِّمَّنْ
خَلَقَ ۚ يَغْفِرُ لِمَن يَشَاءُ وَيُعَذِّبُ مَن يَشَاءُ ۚ وَلِلَّهِ مُلْكُ
السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَا ۖ وَإِلَيْهِ الْمَصِيرُ ﴿١٩﴾
يَا أَهْلَ الْكِتَابِ قَدْ جَاءَكُمْ رَسُولُنَا يُبَيِّنُ لَكُمْ عَلَىٰ
فَتْرَةٍ مِّنَ الرُّسُلِ أَن تَقُولُوا مَا جَاءَنَا مِن بَشِيرٍ وَ
لَا نَذِيرٍ ۖ فَقَدْ جَاءَكُم بَشِيرٌ وَنَذِيرٌ ۗ وَاللَّهُ عَلَىٰ
كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٢٠﴾ ع

21. Memoru, kiam Moseo diris al sia popolo: ”Ho mia popolo! Memoru la favorojn de Allah al vi, kiam Li estigis el via mezo profetojn kaj faris vin reĝoj kaj donis al vi, kion Li neniam donis antaŭe al iu ajn gento.

وَاِذْ قَالَ مُوْسٰى لِقَوْمِهٖ يٰقَوْمِ اذْكُرُوْا نِعْمَةَ اللّٰهِ
عَلَيْكُمْ اِذْ جَعَلَ فِيْكُمْ اَنْۢبِيَآءَ وَجَعَلَكُمْ مُّلُوْكًا ۖۗ
وَّاٰتٰىكُمْ مَّا لَمْ يُؤْتِ اَحَدًا مِّنَ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٢١﴾

22. Ho mia popolo, eniru la sanktan landon, kiun Allah destinis por vi, kaj ne turnu viajn dorsojn, alie vi fariĝos perdantoj”.

يٰقَوْمِ ادْخُلُوا الْاَرْضَ الْمُقَدَّسَةَ الَّتِيْ كَتَبَ اللّٰهُ لَكُمْ
وَلَا تَرْتَدُّوْا عَلٰۤى اَدْبَارِكُمْ فَتَنْقَلِبُوْا خٰسِرِيْنَ ﴿٢٢﴾

23. Ili diris: ”Ho Moseo! Vere en ĝi estas gigantoj, kaj ni neniam eniros ĝin, tiel longe dum ili ne estos elirintaj el ĝi. Tamen, kiam ili eliros el ĝi, ni ĝin eniros”.

قَالُوْا يٰمُوْسٰۤى اِنَّ فِيْهَا قَوْمًا جَبَّارِيْنَ ۖۗ وَاِنَّا لَنْ
نَّدْخُلَهَا حَتّٰى يَخْرُجُوْا مِنْهَا ۚ فَاِنْ يَّخْرُجُوْا مِنْهَا
فَاِنَّا دٰخِلُوْنَ ﴿٢٣﴾

24. Diris du el tiuj, kiuj respektegis Allahon kaj al kiuj Li donis Sian favoron: ”Eniru do la pordon kontraŭ ilin; kiam vi estos enirintaj ĝin, vi estos venkantoj. Konfidu je Allah, se vi estas kredantoj”.

قَالَ رَجُلٰنِ مِنَ الَّذِيْنَ يَخَافُوْنَ اَنْعَمَ اللّٰهُ عَلَيْهِمَا
ادْخُلُوْا عَلَيْهِمُ الْبَابَ ۚ فَاِذَا دَخَلْتُمُوْهُ فَاِنَّكُمْ غٰلِبُوْنَ ۚ۬
وَعَلَى اللّٰهِ فَتَوَكَّلُوْۤا اِنْ كُنْتُمْ مُّؤْمِنِيْنَ ﴿٢٤﴾

25. Ili diris: ”Ho Moseo! Neniam ni eniros ĝin, dum ili estas en ĝi. Iru do vi kaj via Sinjoro kaj batalu ambaŭ. Ni restos kaj sidos ĉi tie”.

قَالُوْا يٰمُوْسٰۤى اِنَّا لَنْ نَّدْخُلَهَاۤ اَبَدًا مَّا دَامُوْا فِيْهَا
فَاذْهَبْ اَنْتَ وَرَبُّكَ فَقَاتِلَاۤ اِنَّا هٰهُنَا قٰعِدُوْنَ ﴿٢٥﴾

26. Li diris: ”Mia Sinjoro, mi havas povon nur super mi mem kaj mia frato; disigu nin do de la popolo ribelema”.

قَالَ رَبِّ اِنِّيْ لَاۤ اَمْلِكُ اِلَّا نَفْسِيْ وَاَخِيْ فَافْرُقْ بَيْنَنَا
وَبَيْنَ الْقَوْمِ الْفٰسِقِيْنَ ﴿٢٦﴾

27. Li diris: ”Ĝi vere estos malpermesita al ili por kvardek jaroj; ili vagados sur la tero. Ne ĉagreniĝu pro la popolo ribelema”.

قَالَ فَاِنَّهَا مُحَرَّمَةٌ عَلَيْهِمْ اَرْبَعِيْنَ سَنَةً ۚ يَتِيْهُوْنَ
فِي الْاَرْضِ ؕ فَلَا تَاْسَ عَلَى الْقَوْمِ الْفٰسِقِيْنَ ﴿٢٧﴾

28. Anoncu al ili laŭvere la rakonton de la du filoj de Adam, kiam ili alportis oferon, kaj de unu el ili ĝi estis akceptita kaj de la alia ĝi ne estis akceptita; kaj unu diris: ”Vere mi mortigos vin”. La alia respondis: ”Vere Allah akceptas nur de la justuloj.

وَاتْلُ عَلَيْهِمْ نَبَاَ ابْنَيْ اٰدَمَ بِالْحَقِّ ۘ اِذْ قَرَّبَا قُرْبَانًا
فَتُقُبِّلَ مِنْ اَحَدِهِمَا وَلَمْ يُتَقَبَّلْ مِنَ الْاٰخَرِ ؕ قَالَ
لَاَقْتُلَنَّكَ ؕ قَالَ اِنَّمَا يَتَقَبَّلُ اللّٰهُ مِنَ الْمُتَّقِيْنَ ﴿٢٨﴾

29. Eĉ se vi levos vian manon por mortigi min, mi ne levos mian manon por mortigi vin. Vere mi respektegas Allahon, la Sinjoron de l' Universo,

لَئِنْ بَسَطْتَّ اِلَيَّ يَدَكَ لِتَقْتُلَنِيْ مَاۤ اَنَا بِبَاسِطٍ يَّدِيَ
اِلَيْكَ لِاَقْتُلَكَ ۚ اِنِّيْ اَخَافُ اللّٰهَ رَبَّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٢٩﴾

30. vere mi volas, ke vi portu mian pekon kun via peko, kaj ke vi estu unu el la loĝantoj de l' fajro. Tio estas la rekompenco de la pekuloj".

إِنِّيٓ أُرِيدُ أَن تَبُوٓأَ بِإِثۡمِي وَإِثۡمِكَ فَتَكُونَ مِنۡ
أَصۡحَٰبِ ٱلنَّارِۚ وَذَٰلِكَ جَزَٰٓؤُاْ ٱلظَّٰلِمِينَ ﴿٣٠﴾

31. Tamen lia animo puŝis lin mortigi sian fraton kaj li mortigis lin kaj li fariĝis unu el la perdantoj.

فَطَوَّعَتۡ لَهُۥ نَفۡسُهُۥ قَتۡلَ أَخِيهِ فَقَتَلَهُۥ فَأَصۡبَحَ
مِنَ ٱلۡخَٰسِرِينَ ﴿٣١﴾

32. Tiam Allah sendis korvon, kiu skrapis la teron, por montri al li, kiel li povas kaŝi la kadavron de sia frato. Li diris: "Ho ve al mi! Ĉu mi eĉ ne kapablas esti kiel ĉi tiu korvo, kaj kaŝi la kadavron de mia frato? ". Tiam li fariĝis pentema.

فَبَعَثَ ٱللَّهُ غُرَابٗا يَبۡحَثُ فِي ٱلۡأَرۡضِ لِيُرِيَهُۥ كَيۡفَ
يُوَٰرِي سَوۡءَةَ أَخِيهِۚ قَالَ يَٰوَيۡلَتَىٰٓ أَعَجَزۡتُ أَنۡ أَكُونَ
مِثۡلَ هَٰذَا ٱلۡغُرَابِ فَأُوَٰرِيَ سَوۡءَةَ أَخِيۖ فَأَصۡبَحَ
مِنَ ٱلنَّٰدِمِينَ ﴿٣٢﴾

33. Pro tiu kaŭzo Ni dekretis al la idoj de Izrael, ke, se iu mortigos homon – krom pro murdo de alia, aŭ ĉar li kreis malpacon sur la tero, – estu, kvazaŭ li estus mortiginta la tutan homaron. Kaj se iu savos la vivon de alia, tiam estu, kvazaŭ li estus savinta la vivon de la tuta homaro. Vere venis al ili Niaj senditoj kun evidentaj signoj. Tiam vere multaj el ili post tio tamen plenumis ekscesojn sur la tero.

مِنۡ أَجۡلِ ذَٰلِكَ كَتَبۡنَا عَلَىٰ بَنِيٓ إِسۡرَٰٓءِيلَ أَنَّهُۥ مَن
قَتَلَ نَفۡسَۢا بِغَيۡرِ نَفۡسٍ أَوۡ فَسَادٖ فِي ٱلۡأَرۡضِ فَكَأَنَّمَا
قَتَلَ ٱلنَّاسَ جَمِيعٗا وَمَنۡ أَحۡيَاهَا فَكَأَنَّمَآ أَحۡيَا ٱلنَّاسَ
جَمِيعٗاۚ وَلَقَدۡ جَآءَتۡهُمۡ رُسُلُنَا بِٱلۡبَيِّنَٰتِ ثُمَّ إِنَّ
كَثِيرٗا مِّنۡهُم بَعۡدَ ذَٰلِكَ فِي ٱلۡأَرۡضِ لَمُسۡرِفُونَ ﴿٣٣﴾

34. Vere la repago por tiuj, kiuj militas kontraŭ Allah kaj Lia sendito kaj provas krei malpacon sur la tero, estu, ke ili estu mortigitaj aŭ krucumitaj, aŭ ke al ili estu fortranĉitaj manoj kaj piedoj pro ilia malobeo, aŭ ke ili estu forpelitaj el la lando. Tio estas honto en ĉi tiu vivo; kaj por ili estos grava puno en la vivo venonta,

إِنَّمَا جَزَٰٓؤُاْ ٱلَّذِينَ يُحَارِبُونَ ٱللَّهَ وَرَسُولَهُۥ وَيَسۡعَوۡنَ
فِي ٱلۡأَرۡضِ فَسَادًا أَن يُقَتَّلُوٓاْ أَوۡ يُصَلَّبُوٓاْ أَوۡ تُقَطَّعَ
أَيۡدِيهِمۡ وَأَرۡجُلُهُم مِّنۡ خِلَٰفٍ أَوۡ يُنفَوۡاْ مِنَ ٱلۡأَرۡضِۚ
ذَٰلِكَ لَهُمۡ خِزۡيٞ فِي ٱلدُّنۡيَاۖ وَلَهُمۡ فِي ٱلۡأٓخِرَةِ عَذَابٌ
عَظِيمٌ ﴿٣٤﴾

35. krom por tiuj, kiuj pentas, antaŭ ol vi kaptos ilin. Sciu, ke Allah estas senkulpigema, pardonema.

إِلَّا ٱلَّذِينَ تَابُواْ مِن قَبۡلِ أَن تَقۡدِرُواْ عَلَيۡهِمۡۖ فَٱعۡلَمُوٓاْ
أَنَّ ٱللَّهَ غَفُورٞ رَّحِيمٞ ﴿٣٥﴾ ع

36. Ho vi, kredantoj! Respektegu Allahon kaj serĉu la unuiĝon kun Li kaj fervoru por Lia afero, por ke vi estu sukcesaj.

يَٰٓأَيُّهَا ٱلَّذِينَ ءَامَنُواْ ٱتَّقُواْ ٱللَّهَ وَٱبۡتَغُوٓاْ إِلَيۡهِ ٱلۡوَسِيلَةَ
وَجَٰهِدُواْ فِي سَبِيلِهِۦ لَعَلَّكُمۡ تُفۡلِحُونَ ﴿٣٦﴾

37. Vere de la miskredantoj – eĉ se ili posedus ĉion, kio estas sur la tero kaj eĉ la duoblon por elaĉeti sin de la puno en la tago de la reviviĝo – nenio estos akceptita kaj por ili estos dolora puno.

إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا لَوْ أَنَّ لَهُم مَّا فِي الْأَرْضِ جَمِيعًا
وَمِثْلَهُ مَعَهُ لِيَفْتَدُوا بِهِ مِنْ عَذَابِ يَوْمِ الْقِيَامَةِ
مَا تُقُبِّلَ مِنْهُمْ ۖ وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٣٧﴾

38. Ili dezira, fuĝi el la fajro kaj ili ne sukcesos fuĝi el ĝi kaj por ili estos ĉiama puno.

يُرِيدُونَ أَن يَخْرُجُوا مِنَ النَّارِ وَمَا هُم بِخَارِجِينَ
مِنْهَا ۖ وَلَهُمْ عَذَابٌ مُّقِيمٌ ﴿٣٨﴾

39. De la ŝtelisto kaj de la ŝtelistino vi detranĉu la manojn kiel puno pro tio, kion ili meritis, kaj kiel ekzemplo de Allah. Allah estas ĉiopova, saĝa.

وَالسَّارِقُ وَالسَّارِقَةُ فَاقْطَعُوا أَيْدِيَهُمَا جَزَاءً بِمَا
كَسَبَا نَكَالًا مِّنَ اللَّهِ ۗ وَاللَّهُ عَزِيزٌ حَكِيمٌ ﴿٣٩﴾
فَمَن تَابَ مِن بَعْدِ ظُلْمِهِ وَأَصْلَحَ فَإِنَّ اللَّهَ يَتُوبُ
عَلَيْهِ ۗ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿٤٠﴾

40. Al tiu tamen, kiu post sia peko pentos kaj pliboniĝos, vere Allah turnos Sin; vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

41. Ĉu vi ne scias, ke de Allah estas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero? Li punas, kiun Li volas, kaj Li pardonas, al kiu Li volas. Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

أَلَمْ تَعْلَمْ أَنَّ اللَّهَ لَهُ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ يُعَذِّبُ
مَن يَشَاءُ وَيَغْفِرُ لِمَن يَشَاءُ ۗ وَاللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيرٌ ﴿٤١﴾

42. Ho vi, sendito! Ne ĉagrenu vin tiuj, kiuj estas rapide sklavigitaj de la miskredo, kiuj diras per siaj buŝoj: ”Ni kredas”, kies koroj tamen ne kredas. Inter la Judoj estas iuj, kiuj aŭskultas ĉiun mensogon, aŭskultas por transdoni al la gentoj, kiuj ankoraŭ ne venis al vi. Ili distordas la vortojn el ilia ĝusta senco kaj diras: ”Se tio estos alportita al vi, tiam prenu ĝin, sed se ĝi ne estos alportita al vi, tiam gardu vin! ”. Al tiu, kiun Allah volas elprovi, nenio utilos kontraŭ Allah. Estas ili tiuj, kies korojn Allah ne volis purigi. Por ili estos honto en ĉi tiu vivo kaj grava puno en la vivo venonta.

يَا أَيُّهَا الرَّسُولُ لَا يَحْزُنكَ الَّذِينَ يُسَارِعُونَ فِي
الْكُفْرِ مِنَ الَّذِينَ قَالُوا آمَنَّا بِأَفْوَاهِهِمْ وَلَمْ تُؤْمِن
قُلُوبُهُمْ ۛ وَمِنَ الَّذِينَ هَادُوا ۛ سَمَّاعُونَ لِلْكَذِبِ
سَمَّاعُونَ لِقَوْمٍ آخَرِينَ لَمْ يَأْتُوكَ ۖ يُحَرِّفُونَ الْكَلِمَ
مِن بَعْدِ مَوَاضِعِهِ ۖ يَقُولُونَ إِنْ أُوتِيتُمْ هَٰذَا فَخُذُوهُ
وَإِن لَّمْ تُؤْتَوْهُ فَاحْذَرُوا ۚ وَمَن يُرِدِ اللَّهُ فِتْنَتَهُ
فَلَن تَمْلِكَ لَهُ مِنَ اللَّهِ شَيْئًا ۚ أُولَٰئِكَ الَّذِينَ لَمْ يُرِدِ
اللَّهُ أَن يُطَهِّرَ قُلُوبَهُمْ ۚ لَهُمْ فِي الدُّنْيَا خِزْيٌ ۖ وَ
لَهُمْ فِي الْآخِرَةِ عَذَابٌ عَظِيمٌ ﴿٤٢﴾
سَمَّاعُونَ لِلْكَذِبِ أَكَّالُونَ لِلسُّحْتِ ۚ فَإِن جَاءُوكَ

43. Ili kutimas aŭskultadi la mensogon, avidi malpermesitaĵojn. Kiam ili venos al vi, vi juĝu inter ili aŭ turnu vin for de ili. Se vi turnos vin for de ili, ili neniel sukcesos malutili al vi. Do juĝu inter ili laŭ justeco. Vere Allah amas la justulojn.

44. Kiel tamen ili volas elekti vin juĝanto, kvankam ili posedas la Toraon, en kiu estas la juĝo de Allah? Poste tamen ili turnas sin for; ili tute ne estas kredantoj.

45. Vere Ni sendis la Toraon, en kiu estas gvidilo kaj lumo. La profetoj, kiuj estis obeemaj, juĝis per ĝi inter la Judoj; same la sciantoj kaj la kleruloj, ĉar al ili estis donita la tasko gardi la Libron de Allah, kaj ili estis ĝiaj atestantoj. Do ne timu la homojn sed Min, kaj ne fordonu Miajn revelaciojn por malalta prezo. Tiuj, kiuj ne juĝas laŭ tio, kion Allah sendis, estas miskredantoj.

46. Ni dekretis en ĝi: vivon pro vivo, okulon pro okulo, nazon pro nazo, orelon pro orelo, denton pro dento, justan repagon pro vundo. Kiu tamen forlasos, por li tio estos elpago de liaj pekoj. Tiuj, kiuj ne juĝas laŭ tio, kion Allah sendis, estas pekuloj.

47. Ni lasis Jesuon, la filon de Maria, sekvi iliajn piedsignojn, kiel plenumiĝon de tio, kio jam estis en la Torao, kaj Ni donis al li la Evangelion, en kiu estas gvidilo kaj lumo kaj plenumiĝo de tio, kio jam estis antaŭ ĝi en la Torao, gvidilo kaj admono por la justuloj.

فَاحْكُمْ بَيْنَهُمْ أَوْ أَعْرِضْ عَنْهُمْ ۚ وَإِنْ تُعْرِضْ
عَنْهُمْ فَلَنْ يَضُرُّوكَ شَيْئًا ۖ وَإِنْ حَكَمْتَ فَاحْكُمْ
بَيْنَهُمْ بِالْقِسْطِ ۚ إِنَّ اللَّهَ يُحِبُّ الْمُقْسِطِينَ ﴿٤٣﴾
وَكَيْفَ يُحَكِّمُونَكَ وَعِنْدَهُمُ التَّوْرَاةُ فِيهَا حُكْمُ
اللَّهِ ثُمَّ يَتَوَلَّوْنَ مِنْ بَعْدِ ذَٰلِكَ ۚ وَمَا أُولَٰئِكَ
بِالْمُؤْمِنِينَ ﴿٤٤﴾ ع
إِنَّا أَنْزَلْنَا التَّوْرَاةَ فِيهَا هُدًى وَنُورٌ ۚ يَحْكُمُ
بِهَا النَّبِيُّونَ الَّذِينَ أَسْلَمُوا لِلَّذِينَ هَادُوا وَالرَّبَّانِيُّونَ
وَالْأَحْبَارُ بِمَا اسْتُحْفِظُوا مِنْ كِتَابِ اللَّهِ وَكَانُوا
عَلَيْهِ شُهَدَاءَ ۚ فَلَا تَخْشَوُا النَّاسَ وَاخْشَوْنِ وَ
لَا تَشْتَرُوا بِآيَاتِي ثَمَنًا قَلِيلًا ۚ وَمَنْ لَمْ يَحْكُمْ بِمَا
أَنْزَلَ اللَّهُ فَأُولَٰئِكَ هُمُ الْكَافِرُونَ ﴿٤٥﴾
وَكَتَبْنَا عَلَيْهِمْ فِيهَا أَنَّ النَّفْسَ بِالنَّفْسِ وَالْعَيْنَ
بِالْعَيْنِ وَالْأَنْفَ بِالْأَنْفِ وَالْأُذُنَ بِالْأُذُنِ وَالسِّنَّ
بِالسِّنِّ وَالْجُرُوحَ قِصَاصٌ ۚ فَمَنْ تَصَدَّقَ بِهِ فَهُوَ
كَفَّارَةٌ لَهُ ۚ وَمَنْ لَمْ يَحْكُمْ بِمَا أَنْزَلَ اللَّهُ فَأُولَٰئِكَ
هُمُ الظَّالِمُونَ ﴿٤٦﴾
وَقَفَّيْنَا عَلَىٰ آثَارِهِمْ بِعِيسَى ابْنِ مَرْيَمَ مُصَدِّقًا
لِمَا بَيْنَ يَدَيْهِ مِنَ التَّوْرَاةِ ۖ وَآتَيْنَاهُ الْإِنْجِيلَ فِيهِ
هُدًى وَنُورٌ وَمُصَدِّقًا لِمَا بَيْنَ يَدَيْهِ مِنَ التَّوْرَاةِ
وَهُدًى وَمَوْعِظَةً لِلْمُتَّقِينَ ﴿٤٧﴾
وَلْيَحْكُمْ أَهْلُ الْإِنْجِيلِ بِمَا أَنْزَلَ اللَّهُ فِيهِ ۚ وَمَنْ لَمْ

48. Juĝu la popolo de l' Evangelio laŭ tio, kion Allah sendis en ĝi; tiuj, kiuj ne juĝas laŭ tio, kion Allah sendis, estas ribelantoj.

49. Ni sendis al vi la Libron kun la vero kiel plenumiĝon de tio, kio jam estis en antaŭa Skribo kaj kiel protekton por tio. Do juĝu inter ili laŭ tio, kion Allah sendis, kaj ne sekvu iliajn vanajn dezirojn, turnante vin for de tio vera, kio venis al vi. Al ĉiu el vi Ni ordonis Diajn leĝon kaj vojon. Kaj se Allah volus, Li estus farinta vin unu popolo, tamen Li volas elprovi vin per tio, kion Li donis al vi. Do konkuru reciproke pri la bonaj faroj. Al Allah estos la reveno de vi ĉiuj. Li sciigos al vi tion, pri kio vi malkonsentis.

50. Tiel juĝu inter ili per tio, kion Allah sendis, kaj ne sekvu iliajn vanajn dezirojn, sed estu singardema, por ke ili ne devojigu vin de iom el tio, kion Allah sendis al vi. Se ili tamen turnos sin for, sciu, ke Allah intencas trafi ilin pro iuj el iliaj pekoj. Multaj vere estas malobeemaj.

51. Ĉu ili deziras denove la leĝaron de la tempo de la nescio? Kiu estas pli bona juĝanto ol Allah por popolo firme kredanta?

52. Ho vi, kredantoj! Ne prenu Judojn aŭ Kristanojn kiel amikojn. Ili estas amikoj unu de la alia. Kiu el vi prenos ilin kiel amikojn, vere li estos unu el ili. Vere Allah ne gvidas la popolon pekeman.

53. Vi vidos tiujn, en kies koroj estas malsano, kuri al ili; ili diras: "Ni timas, ke malfeliĉo trafos nin. Alportu Allah al ni la venkon aŭ okazaĵon de Si mem". Tial ili pentos pro tio, kion ili kaŝis en siaj animoj.

يَحْكُمْ بِمَآ أَنْزَلَ اللّٰهُ فَأُولٰٓئِكَ هُمُ الْفٰسِقُوْنَ ﴿٤٨﴾
وَأَنْزَلْنَآ إِلَيْكَ الْكِتٰبَ بِالْحَقِّ مُصَدِّقًا لِّمَا بَيْنَ يَدَيْهِ
مِنَ الْكِتٰبِ وَمُهَيْمِنًا عَلَيْهِ فَاحْكُمْ بَيْنَهُمْ بِمَآ أَنْزَلَ
اللّٰهُ وَلَا تَتَّبِعْ أَهْوَآءَهُمْ عَمَّا جَآءَكَ مِنَ الْحَقِّ لِكُلٍّ
جَعَلْنَا مِنْكُمْ شِرْعَةً وَّمِنْهَاجًا وَلَوْ شَآءَ اللّٰهُ لَجَعَلَكُمْ
أُمَّةً وَّاحِدَةً وَّلٰكِنْ لِّيَبْلُوَكُمْ فِيْ مَآ اٰتٰىكُمْ فَاسْتَبِقُوا
الْخَيْرٰتِ إِلَى اللّٰهِ مَرْجِعُكُمْ جَمِيْعًا فَيُنَبِّئُكُمْ بِمَا
كُنْتُمْ فِيْهِ تَخْتَلِفُوْنَ ﴿٤٩﴾
وَأَنِ احْكُمْ بَيْنَهُمْ بِمَآ أَنْزَلَ اللّٰهُ وَلَا تَتَّبِعْ أَهْوَآءَهُمْ
وَاحْذَرْهُمْ أَنْ يَّفْتِنُوْكَ عَنْ بَعْضِ مَآ أَنْزَلَ اللّٰهُ إِلَيْكَ
فَإِنْ تَوَلَّوْا فَاعْلَمْ أَنَّمَا يُرِيْدُ اللّٰهُ أَنْ يُّصِيْبَهُمْ بِبَعْضِ
ذُنُوْبِهِمْ وَإِنَّ كَثِيْرًا مِّنَ النَّاسِ لَفٰسِقُوْنَ ﴿٥٠﴾
أَفَحُكْمَ الْجَاهِلِيَّةِ يَبْغُوْنَ وَمَنْ أَحْسَنُ مِنَ اللّٰهِ
حُكْمًا لِّقَوْمٍ يُّوْقِنُوْنَ ﴿٥١﴾ ع
يٰٓأَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَتَّخِذُوا الْيَهُوْدَ وَالنَّصٰرٰٓى أَوْلِيَآءَ
بَعْضُهُمْ أَوْلِيَآءُ بَعْضٍ وَمَنْ يَّتَوَلَّهُمْ مِّنْكُمْ فَإِنَّهٗ
مِنْهُمْ إِنَّ اللّٰهَ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٥٢﴾
فَتَرَى الَّذِيْنَ فِيْ قُلُوْبِهِمْ مَّرَضٌ يُّسَارِعُوْنَ فِيْهِمْ
يَقُوْلُوْنَ نَخْشٰٓى أَنْ تُصِيْبَنَا دَآئِرَةٌ فَعَسَى اللّٰهُ أَنْ يَّأْتِيَ
بِالْفَتْحِ أَوْ أَمْرٍ مِّنْ عِنْدِهٖ فَيُصْبِحُوْا عَلٰى مَآ أَسَرُّوْا فِيْٓ
أَنْفُسِهِمْ نٰدِمِيْنَ ﴿٥٣﴾
وَيَقُوْلُ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا أَهٰٓؤُلَآءِ الَّذِيْنَ أَقْسَمُوْا بِاللّٰهِ جَهْدَ

54. Diros la kredantoj: ”Ĉu estas ili tiuj, kiuj ĵuris per Allah, per solenaj ĵuroj, ke ili vere estas kun vi? ”. Vanaj estas iliaj verkoj kaj ili fariĝos perdantoj.

55. Ho vi, kredantoj! Kiu turnos sin for de vi, tiu sciu: baldaŭ sendos Allah alian popolon, kiun Li amas kaj kiu Lin amas, bonaniman kontraŭ la kredantoj kaj severan kontraŭ la miskredantoj. Ili militos por la afero de Allah kaj ne timos la riproĉojn de la riproĉanto. Tia estas la graco de Allah: Li donas ĝin, al kiu Li volas. Allah estas malavara, ĉioscia.

56. Vere amikoj de Allah estas Lia sendito kaj la kredantoj, kiuj levas la preĝon kaj donas almozojn; ili estas piuloj.

57. Kiu prenos kiel amikojn Allahon kaj Lian senditon kaj kredantojn, sciu: vere estos la sekvantoj de Allah tiuj, kiuj venkos.

58. Ho vi, kredantoj! Ne prenu kiel amikojn por vi tiujn, kiuj mokas la religion kaj ŝercas pri ĝi, el tiuj, al kiuj estis donita la Skribo antaŭ vi, nek la miskredantojn. Respektegu Allahon, se vi estas kredantoj.

59. Tiuj, kiuj mokas kaj ŝercas, kiam vi vokas al la preĝo, ili estas vere popolo, kiu ne komprenas.

60. Diru: ”Ho popolo de la Skribo! Ĉu vi nin nur riproĉas, ĉar ni kredas je Allah kaj je tio, kion Li sendis al ni, kaj je tio, kion Li estis sendinta antaŭe, aŭ ĉar la plejmultaj el vi estas ribelantoj? ”.

أَيْمَانِهِمْ إِنَّهُمْ لَمَعَكُمْ حَبِطَتْ أَعْمَالُهُمْ فَأَصْبَحُوا
خَاسِرِينَ ﴿٥٤﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا مَنْ يَرْتَدَّ مِنْكُمْ عَنْ دِينِهِ فَسَوْفَ
يَأْتِي اللَّهُ بِقَوْمٍ يُحِبُّهُمْ وَيُحِبُّونَهُ أَذِلَّةٍ عَلَى الْمُؤْمِنِينَ
أَعِزَّةٍ عَلَى الْكَافِرِينَ يُجَاهِدُونَ فِي سَبِيلِ اللَّهِ وَلَا
يَخَافُونَ لَوْمَةَ لَائِمٍ ذَٰلِكَ فَضْلُ اللَّهِ يُؤْتِيهِ مَنْ يَشَاءُ
وَاللَّهُ وَاسِعٌ عَلِيمٌ ﴿٥٥﴾
إِنَّمَا وَلِيُّكُمُ اللَّهُ وَرَسُولُهُ وَالَّذِينَ آمَنُوا الَّذِينَ يُقِيمُونَ
الصَّلَاةَ وَيُؤْتُونَ الزَّكَاةَ وَهُمْ رَاكِعُونَ ﴿٥٦﴾
وَمَنْ يَتَوَلَّ اللَّهَ وَرَسُولَهُ وَالَّذِينَ آمَنُوا فَإِنَّ حِزْبَ
ع اللَّهِ هُمُ الْغَالِبُونَ ﴿٥٧﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا تَتَّخِذُوا الَّذِينَ اتَّخَذُوا دِينَكُمْ
هُزُوًا وَلَعِبًا مِنَ الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَابَ مِنْ قَبْلِكُمْ وَالْكُفَّارَ
أَوْلِيَاءَ وَاتَّقُوا اللَّهَ إِنْ كُنْتُمْ مُؤْمِنِينَ ﴿٥٨﴾
وَإِذَا نَادَيْتُمْ إِلَى الصَّلَاةِ اتَّخَذُوهَا هُزُوًا وَلَعِبًا
ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمْ قَوْمٌ لَا يَعْقِلُونَ ﴿٥٩﴾
قُلْ يَا أَهْلَ الْكِتَابِ هَلْ تَنْقِمُونَ مِنَّا إِلَّا أَنْ آمَنَّا بِاللَّهِ وَمَا أُنْزِلَ
إِلَيْنَا وَمَا أُنْزِلَ مِنْ قَبْلُ وَأَنَّ أَكْثَرَكُمْ فَاسِقُونَ ﴿٦٠﴾
قُلْ هَلْ أُنَبِّئُكُمْ بِشَرٍّ مِنْ ذَٰلِكَ مَثُوبَةً عِنْدَ اللَّهِ مَنْ
لَعَنَهُ اللَّهُ وَغَضِبَ عَلَيْهِ وَجَعَلَ مِنْهُمُ الْقِرَدَةَ وَالْخَنَازِيرَ وَعَبَدَ
الطَّاغُوتَ أُولَٰئِكَ شَرٌّ مَكَانًا وَأَضَلُّ عَنْ سَوَاءِ السَّبِيلِ ﴿٦١﴾
وَإِذَا جَاءُوكُمْ قَالُوا آمَنَّا وَقَدْ دَخَلُوا بِالْكُفْرِ وَهُمْ قَدْ خَرَجُوا

61. Diru: "Ĉu mi instruu vin pri tiuj, kies repago de Allah estos eĉ pli malbona ol tiu?". Kiujn Allah malbenis, kaj kontraŭ kiuj Li koleris, kaj kiujn Li faris simioj kaj porkoj, kaj kiuj adoras la idolojn? Ĉi tiuj estas en eĉ pli malbona situacio kaj eraradis malproksimegen for de la rekta vojo.

62. Kiam ili venas al vi, ili diras: "Ni kredas" kaj kontraŭe ili eniras miskredante kaj eliras tute same. Allah bone scias, kion ili kaŝas.

63. Vi vidas, kiom multaj el ili konkuras en peko kaj ekscesoj kaj manĝado de malpermesitaĵoj. Malbona vere estas tio, kion ili faras!

64. Kial ne malpermesas al ili la religiuloj kaj la sciantoj de la Skribo iliajn pekajn parolojn kaj la manĝadon de malpermesitaĵoj? Malbona vere estas tio, kion ili faras.

65. La Judoj diras: "La mano de Allah estas ligita". Iliaj manoj estu ligitaj kaj ili estu malbenitaj pro iliaj diroj. Ne! Liaj manoj estas ambaŭ tute malfermitaj; Li disdonas, kiel Li volas; tio, kio estis sendita al vi de via Sinjoro, vere nur pliigos por multaj el ili la malpiegecon kaj la miskredon. Ni semis inter ili malamikeçon kaj malamon ĝis la tago de la reviviĝo. Ĉiam, kiam ili ekbruligos fajron por la milito, Allah estingos ĝin. Ili nur deziregas malfeliĉon sur la tero. Allah ne amas la malpacemulojn.

66. Se la popolo de la Skribo estus kredinta kaj respekteginta, Ni certe estus forpreninta de ili ilian malbonon kaj kondukinta ilin en la ĝardenojn de la feliĉo.

67. Kaj se ili estus sekvintaj la Toraon kaj la Evangelion kaj tion, kio estis sendita al ili de ilia Sinjoro, ili certe ĝuus la bonajn aĵojn, kiuj estas super ili kaj sub iliaj piedoj. Inter ili estas iuj, kiuj estas moderaj, sed multaj el ili – ho, malbone estas, kiel ili agas!

بِهٖ ۗ وَاللّٰهُ اَعْلَمُ بِمَا كَانُوْا يَكْتُمُوْنَ ﴿٦٢﴾
وَتَرٰى كَثِيْرًا مِّنْهُمْ يُسَارِعُوْنَ فِى الْاِثْمِ وَالْعُدْوَانِ وَ
اَكْلِهِمُ السُّحْتَ ۗ لَبِئْسَ مَا كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ ﴿٦٣﴾
لَوْلَا يَنْهٰهُمُ الرَّبّٰنِيُّوْنَ وَالْاَحْبَارُ عَنْ قَوْلِهِمُ الْاِثْمَ
وَاَكْلِهِمُ السُّحْتَ ۗ لَبِئْسَ مَا كَانُوْا يَصْنَعُوْنَ ﴿٦٤﴾
وَقَالَتِ الْيَهُوْدُ يَدُ اللّٰهِ مَغْلُوْلَةٌ ۗ غُلَّتْ اَيْدِيْهِمْ
وَلُعِنُوْا بِمَا قَالُوْا ۘ بَلْ يَدٰهُ مَبْسُوْطَتٰنِ ۙ يُنْفِقُ كَيْفَ
يَشَآءُ ۗ وَلَيَزِيْدَنَّ كَثِيْرًا مِّنْهُمْ مَّآ اُنْزِلَ اِلَيْكَ مِنْ
رَّبِّكَ طُغْيَانًا وَّكُفْرًا ۗ وَاَلْقَيْنَا بَيْنَهُمُ الْعَدَاوَةَ
وَالْبَغْضَآءَ اِلٰى يَوْمِ الْقِيٰمَةِ ۗ كُلَّمَآ اَوْقَدُوْا نَارًا
لِّلْحَرْبِ اَطْفَاَهَا اللّٰهُ ۙ وَيَسْعَوْنَ فِى الْاَرْضِ فَسَادًا ۗ
وَاللّٰهُ لَا يُحِبُّ الْمُفْسِدِيْنَ ﴿٦٥﴾
وَلَوْ اَنَّ اَهْلَ الْكِتٰبِ اٰمَنُوْا وَاتَّقَوْا لَكَفَّرْنَا عَنْهُمْ
سَيِّاٰتِهِمْ وَلَاَدْخَلْنٰهُمْ جَنّٰتِ النَّعِيْمِ ﴿٦٦﴾
وَلَوْ اَنَّهُمْ اَقَامُوا التَّوْرٰىةَ وَالْاِنْجِيْلَ وَمَآ اُنْزِلَ
اِلَيْهِمْ مِّنْ رَّبِّهِمْ لَاَكَلُوْا مِنْ فَوْقِهِمْ وَمِنْ تَحْتِ
اَرْجُلِهِمْ ۗ مِنْهُمْ اُمَّةٌ مُّقْتَصِدَةٌ ۗ وَكَثِيْرٌ مِّنْهُمْ سَآءَ
مَا يَعْمَلُوْنَ ﴿٦٧﴾
يٰٓاَيُّهَا الرَّسُوْلُ بَلِّغْ مَآ اُنْزِلَ اِلَيْكَ مِنْ رَّبِّكَ ۗ وَاِنْ لَّمْ
تَفْعَلْ فَمَا بَلَّغْتَ رِسَالَتَهٗ ۗ وَاللّٰهُ يَعْصِمُكَ مِنَ النَّاسِ ۗ
اِنَّ اللّٰهَ لَا يَهْدِى الْقَوْمَ الْكٰفِرِيْنَ ﴿٦٨﴾
قُلْ يٰٓاَهْلَ الْكِتٰبِ لَسْتُمْ عَلٰى شَىْءٍ حَتّٰى تُقِيْمُوا التَّوْرٰىةَ

68. Ho vi, sendito! Anoncu tion, kio estis sendita al vi de via Sinjoro; se vi ne faras tion, vi ne anoncas Liajn senditaĵojn. Allah protektos vin de la homoj. Vere Allah ne gvidas la popolon miskredantan.

69. Diru: "Ho popolo de la Skribo, vi ne havos subtenaĵon, antaŭ ol vi sekvos la Toraon kaj la Evangelion kaj tion, kio estis sendita al vi de via Sinjoro". Tamen tio, kio estis sendita al vi de via Sinjoro, nur pliigos por multaj el ili la malpiegecon kaj la miskredon. Do ne ĉagreniĝu pro la popolo miskredanta.

70. Vere por la kredantoj kaj la Judoj kaj la Sabeoj* kaj la Kristanoj, kiuj kredas je Allah kaj al la tago venonta, plu ne estos timo nek malgajeco.

71. Vere Ni faris aliancon kun la idoj de Izrael kaj sendis al ili senditojn, sed ĉiam, kiam venis al ili sendito kun io, kion iliaj animoj ne deziris, unujn el ili ili kulpigis pri mensogo kaj aliajn ili provis mortigi.

72. Kaj ili opiniis, ke ili ne estos punitaj, kaj fariĝis blindaj kaj surdaj. Poste Allah turnis Sin kompateme al ili, tamen multaj el ili same fariĝis blindaj kaj surdaj. Allah bone vidas, kion ili faras.

73. Vere estas miskredantoj tiuj, kiuj diras: "Vere Allah estas la Mesio, la filo de Maria", kvankam la Mesio diris: "Ho idoj de Izrael! Adoru Allahon, kiu estas mia kaj via Sinjoro". Vere al tiu, kiu aldonas rivalojn al Allah, Allah rifuzos la Paradizon kaj lia restadejo estos la fajro. Por la pekuloj ne estos helpantoj.

74. Vere estas miskredantoj tiuj, kiuj diras: "Allah estas la tria el tri"; ne ekzistas alia Dio, ol la Dio ununura. Se ili ne ĉesigos siajn dirojn, tiam la miskredantojn inter ili atingos dolora puno.

* v. 2:63 (noton)

والإنجيل وما أنزل إليكم من ربكم ۗ وليزيدن
كثيرا منهم ما أنزل إليك من ربك طغيانا وكفرا ۖ
فلا تأس على القوم الكافرين ﴿٦٩﴾
إن الذين آمنوا والذين هادوا والصابئون والنصارى
من آمن بالله واليوم الآخر وعمل صالحا فلا خوف
عليهم ولا هم يحزنون ﴿٧٠﴾
لقد أخذنا ميثاق بني إسرائيل وأرسلنا إليهم
رسلا ۖ كلما جاءهم رسول بما لا تهوى أنفسهم
فريقا كذبوا وفريقا يقتلون ﴿٧١﴾
وحسبوا ألا تكون فتنة فعموا وصموا ثم تاب الله
عليهم ثم عموا وصموا كثير منهم ۚ والله بصير بما
يعملون ﴿٧٢﴾
لقد كفر الذين قالوا إن الله هو المسيح ابن مريم ۖ
وقال المسيح يا بني إسرائيل اعبدوا الله ربي
وربكم ۖ إنه من يشرك بالله فقد حرم الله عليه
الجنة ومأواه النار ۖ وما للظالمين من أنصار ﴿٧٣﴾
لقد كفر الذين قالوا إن الله ثالث ثلاثة ۘ وما من
إله إلا إله واحد ۚ وإن لم ينتهوا عما يقولون
ليمسن الذين كفروا منهم عذاب أليم ﴿٧٤﴾
أفلا يتوبون إلى الله ويستغفرونه ۚ والله غفور
رحيم ﴿٧٥﴾
ما المسيح ابن مريم إلا رسول قد خلت من

75. Ĉu ili ne volas turni sin al Allah kaj peti pardonon de Li? Allah estas senkulpigema, pardonema.

76. La Mesio, la filo de Maria, estis nur sendito; antaŭ li jam estis aliaj senditoj kaj lia patrino estis verama; ambaŭ kutimis manĝi manĝaĵojn. Rigardu, kiel Mi klarigas al ili la signojn, kaj rigardu poste, kiel ili turnas sin for.

77. Diru: "Ĉu vi volas adori krom Allahon tion, kio ne havas la povon utili aŭ malutili al vi? Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia".

78. Diru: "Ho popolo de la Skribo, ne troigu je via kredo, kontraŭ la vero, kaj ne sekvu la malbonajn dezirojn de la popolo, kiu devojiĝis antaŭe, kaj multajn devojigis, kaj malproksimegen devojiĝis de la rekta vojo.

79. Tiuj el la idoj de Izrael, kiuj estis miskredantoj, estis malbenitaj de la buŝoj de David kaj de Jesuo, filo de Maria. Tio estis, ĉar ili malobeis kaj pekegis.

80. Ili ne malhelpis unu al la alia la malbonaĵojn, kiujn ili plenumis. Malbonega estis tio, kion ili faris.

81. Vi vidas, multaj el ili prenas miskredantojn kiel amikojn. Vere estas malbonega tio, kion ili faris por si mem, tiel ke Allah koleris kontraŭ ili; kaj en la puno ili restos por ĉiam.

82. Se ili estus kredintaj je Allah kaj al la profetoj kaj je tio, kio estis sendita, ili ne prenus ilin kiel amikojn; multaj tamen estas malobeemaj.

قَبْلِهِ الرُّسُلُ ۖ وَأُمُّهُ صِدِّيقَةٌ ۖ كَانَا يَأْكُلَانِ الطَّعَامَ ۗ
انْظُرْ كَيْفَ نُبَيِّنُ لَهُمُ الْآيَاتِ ثُمَّ انْظُرْ أَنَّىٰ يُؤْفَكُونَ ﴿٧٦﴾
قُلْ أَتَعْبُدُونَ مِنْ دُونِ اللَّهِ مَا لَا يَمْلِكُ لَكُمْ ضَرًّا
وَلَا نَفْعًا ۚ وَاللَّهُ هُوَ السَّمِيعُ الْعَلِيمُ ﴿٧٧﴾
قُلْ يَا أَهْلَ الْكِتَابِ لَا تَغْلُوا فِي دِينِكُمْ غَيْرَ الْحَقِّ وَلَا تَتَّبِعُوا
أَهْوَاءَ قَوْمٍ قَدْ ضَلُّوا مِنْ قَبْلُ وَأَضَلُّوا كَثِيرًا وَضَلُّوا
عَنْ سَوَاءِ السَّبِيلِ ﴿٧٨﴾
لُعِنَ الَّذِينَ كَفَرُوا مِنْ بَنِي إِسْرَائِيلَ عَلَىٰ لِسَانِ
دَاوُودَ وَعِيسَى ابْنِ مَرْيَمَ ۚ ذَٰلِكَ بِمَا عَصَوْا وَكَانُوا
يَعْتَدُونَ ﴿٧٩﴾
كَانُوا لَا يَتَنَاهَوْنَ عَنْ مُنْكَرٍ فَعَلُوهُ ۚ لَبِئْسَ مَا كَانُوا
يَفْعَلُونَ ﴿٨٠﴾
تَرَىٰ كَثِيرًا مِنْهُمْ يَتَوَلَّوْنَ الَّذِينَ كَفَرُوا ۚ لَبِئْسَ مَا
قَدَّمَتْ لَهُمْ أَنْفُسُهُمْ أَنْ سَخِطَ اللَّهُ عَلَيْهِمْ وَفِي
الْعَذَابِ هُمْ خَالِدُونَ ﴿٨١﴾
وَلَوْ كَانُوا يُؤْمِنُونَ بِاللَّهِ وَالنَّبِيِّ وَمَا أُنْزِلَ إِلَيْهِ
مَا اتَّخَذُوهُمْ أَوْلِيَاءَ وَلَٰكِنَّ كَثِيرًا مِنْهُمْ فَاسِقُونَ ﴿٨٢﴾
لَتَجِدَنَّ أَشَدَّ النَّاسِ عَدَاوَةً لِلَّذِينَ آمَنُوا الْيَهُودَ
وَالَّذِينَ أَشْرَكُوا ۖ وَلَتَجِدَنَّ أَقْرَبَهُمْ مَوَدَّةً لِلَّذِينَ
آمَنُوا الَّذِينَ قَالُوا إِنَّا نَصَارَىٰ ۚ ذَٰلِكَ بِأَنَّ مِنْهُمْ قِسِّيسِينَ
وَرُهْبَانًا وَأَنَّهُمْ لَا يَسْتَكْبِرُونَ ﴿٨٣﴾
وَإِذَا سَمِعُوا مَا أُنْزِلَ إِلَى الرَّسُولِ تَرَىٰ أَعْيُنَهُمْ

83. Vi trovos, ke el ĉiuj homoj la plej akraj malamikoj de la kredantoj estas la Judoj kaj la idolanoj. Kaj vi trovos certe, ke la plej amikecaj al la kredantoj estas tiuj, kiuj diras: "Ni vere estas Kristanoj". Tio estas, ĉar inter ili estas religiuloj kaj monaĥoj, kaj ĉar ili ne estas fieruloj.

*

Fino de la 6-a parto

84. Kiam ili aŭdas tion, kio estis sendita al la sendito, vi vidas iliajn okulojn pleniĝi de larmoj pro la vero, kiun ili rekonis. Ili diras: "Nia Sinjoro, ni kredas, do enskribu nin inter la atestantojn".

85. Kial ni ne kredus je Allah kaj je tio, kio venis al ni de la vero? Ni vere deziregas, ke nia Sinjoro faru nin justuloj.

86. Do Allah rekompencos ilin – pro tio, kion ili diris – per ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj; tie ili restos ĉiam. Tiu estos la rekompenco de la bonfarantoj.

87. Kiuj miskredos kaj rifuzos Niajn signojn, tiuj estos loĝantoj de l' infero.

88. Ho vi, kredantoj! Ne malpermesu la purajn aĵojn, kiujn Allah permesis al vi, sed ankaŭ ne transpaŝu la limojn. Allah vere ne amas la transpaŝantojn.

89. Manĝu kion Allah donis al vi: permesitaĵojn, purajn; respektegu Allahon, Lin, je kiu vi kredas.

90. Allah ne postulos pravigon de vi pro nepripensita vorto en viaj ĵuroj, sed Li faros tion pro la intencoj en viaj ĵuroj; la pentofaro estos tiam nutri dek malriĉulojn per la sama kvanto, per kiu vi nutras viajn familianojn aŭ vesti ilin, aŭ liberigi unu sklavon.

تَفِيضُ مِنَ الدَّمْعِ مِمَّا عَرَفُوا مِنَ الْحَقِّ يَقُولُونَ
رَبَّنَا آمَنَّا فَاكْتُبْنَا مَعَ الشَّاهِدِينَ ﴿٨٤﴾
وَمَا لَنَا لَا نُؤْمِنُ بِاللَّهِ وَمَا جَاءَنَا مِنَ الْحَقِّ وَ
نَطْمَعُ أَنْ يُدْخِلَنَا رَبُّنَا مَعَ الْقَوْمِ الصَّالِحِينَ ﴿٨٥﴾
فَأَثَابَهُمُ اللَّهُ بِمَا قَالُوا جَنَّاتٍ تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ
خَالِدِينَ فِيهَا وَذَٰلِكَ جَزَاءُ الْمُحْسِنِينَ ﴿٨٦﴾
وَالَّذِينَ كَفَرُوا وَكَذَّبُوا بِآيَاتِنَا أُولَٰئِكَ أَصْحَابُ الْجَحِيمِ ﴿٨٧﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا تُحَرِّمُوا طَيِّبَاتِ مَا أَحَلَّ اللَّهُ لَكُمْ
وَلَا تَعْتَدُوا إِنَّ اللَّهَ لَا يُحِبُّ الْمُعْتَدِينَ ﴿٨٨﴾
وَكُلُوا مِمَّا رَزَقَكُمُ اللَّهُ حَلَالًا طَيِّبًا وَاتَّقُوا اللَّهَ الَّذِي
أَنْتُمْ بِهِ مُؤْمِنُونَ ﴿٨٩﴾
لَا يُؤَاخِذُكُمُ اللَّهُ بِاللَّغْوِ فِي أَيْمَانِكُمْ وَلَٰكِنْ يُؤَاخِذُكُمْ
بِمَا عَقَّدْتُمُ الْأَيْمَانَ فَكَفَّارَتُهُ إِطْعَامُ عَشَرَةِ مَسَاكِينَ
مِنْ أَوْسَطِ مَا تُطْعِمُونَ أَهْلِيكُمْ أَوْ كِسْوَتُهُمْ أَوْ تَحْرِيرُ
رَقَبَةٍ فَمَنْ لَمْ يَجِدْ فَصِيَامُ ثَلَاثَةِ أَيَّامٍ ذَٰلِكَ كَفَّارَةُ
أَيْمَانِكُمْ إِذَا حَلَفْتُمْ وَاحْفَظُوا أَيْمَانَكُمْ كَذَٰلِكَ
يُبَيِّنُ اللَّهُ لَكُمْ آيَاتِهِ لَعَلَّكُمْ تَشْكُرُونَ ﴿٩٠﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا إِنَّمَا الْخَمْرُ وَالْمَيْسِرُ وَالْأَنْصَابُ
وَالْأَزْلَامُ رِجْسٌ مِنْ عَمَلِ الشَّيْطَانِ فَاجْتَنِبُوهُ لَعَلَّكُمْ
تُفْلِحُونَ ﴿٩١﴾
إِنَّمَا يُرِيدُ الشَّيْطَانُ أَنْ يُوقِعَ بَيْنَكُمُ الْعَدَاوَةَ
وَالْبَغْضَاءَ فِي الْخَمْرِ وَالْمَيْسِرِ وَيَصُدَّكُمْ عَنْ

Por tiu, kiu ne povas fari tion: fasti tri tagojn. Tiu estas pento pro viaj ĵuroj neplenumitaj, post kiam vi faris ilin. Do plenumu viajn ĵurojn. Tiel Allah klarigas al vi Siajn revelaciojn, por ke vi estu dankaj.

91. Ho vi, kredantoj! Vere la vino, la hazardludo, kaj la idoloj, kaj la sagoj* estas hontindaĵoj, verko de Satano; do evitu ilin, por ke vi estu sukcesaj.

92. Vere deziras Satano estigi inter vi malamikecon kaj malamon per vino kaj hazardludo, por malproksimigi vin de la pensoj pri Allah kaj de la preĝo. Ĉu vi lasos lin malproksimigi vin?

93. Obeu Allahon kaj la senditon kaj estu singardemaj. Se vi turnos vin for, sciu, ke la devo de Nia sendito estas anonci publike.

94. Por la kredantoj kaj bonfarantoj ne estos peko manĝi, se ili estos respektegemaj kaj kredos kaj bonfaros, poste ankoraŭ respektegos kaj kredos, poste denove respektegos kaj bonfaros. Allah amas la pacemulojn.

95. Ho vi, kredantoj! Allah elprovos vin rilate al iu afero, nome la ĉasaĵo, kiun povas atingi viaj manoj aŭ viaj lancoj, por ke Allah rekonu tiujn, kiuj respektegas Lin sekrete. Por tiu, kiu poste ankoraŭ pekos, estos dolora puno.

---

* Kiujn oni ĵetis por diveni la sorton

ذِكْرِ اللّٰهِ وَعَنِ الصَّلٰوةِ ۚ فَهَلْ اَنْتُمْ مُّنْتَهُوْنَ ﴿٩٢﴾
وَاَطِيْعُوا اللّٰهَ وَاَطِيْعُوا الرَّسُوْلَ وَاحْذَرُوْا ۚ فَاِنْ تَوَلَّيْتُمْ
فَاعْلَمُوْٓا اَنَّمَا عَلٰى رَسُوْلِنَا الْبَلٰغُ الْمُبِيْنُ ﴿٩٣﴾
لَيْسَ عَلَى الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ جُنَاحٌ
فِيْمَا طَعِمُوْٓا اِذَا مَا اتَّقَوْا وَّاٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ
ثُمَّ اتَّقَوْا وَّاٰمَنُوْا ثُمَّ اتَّقَوْا وَّاَحْسَنُوْا ۚ وَاللّٰهُ يُحِبُّ
الْمُحْسِنِيْنَ ﴿٩٤﴾ ع ١٢ ٢
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَيَبْلُوَنَّكُمُ اللّٰهُ بِشَيْءٍ مِّنَ الصَّيْدِ
تَنَالُهٗٓ اَيْدِيْكُمْ وَرِمَاحُكُمْ لِيَعْلَمَ اللّٰهُ مَنْ يَّخَافُهٗ
بِالْغَيْبِ ۚ فَمَنِ اعْتَدٰى بَعْدَ ذٰلِكَ فَلَهٗ عَذَابٌ اَلِيْمٌ ﴿٩٥﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَقْتُلُوا الصَّيْدَ وَاَنْتُمْ حُرُمٌ ۭ
وَمَنْ قَتَلَهٗ مِنْكُمْ مُّتَعَمِّدًا فَجَزَآءٌ مِّثْلُ مَا قَتَلَ مِنَ
النَّعَمِ يَحْكُمُ بِهٖ ذَوَا عَدْلٍ مِّنْكُمْ هَدْيًا ۢ بٰلِغَ الْكَعْبَةِ
اَوْ كَفَّارَةٌ طَعَامُ مَسٰكِيْنَ اَوْ عَدْلُ ذٰلِكَ صِيَامًا
لِّيَذُوْقَ وَبَالَ اَمْرِهٖ ۭ عَفَا اللّٰهُ عَمَّا سَلَفَ ۭ وَمَنْ عَادَ
فَيَنْتَقِمُ اللّٰهُ مِنْهُ ۭ وَاللّٰهُ عَزِيْزٌ ذُو انْتِقَامٍ ﴿٩٦﴾
اُحِلَّ لَكُمْ صَيْدُ الْبَحْرِ وَطَعَامُهٗ مَتَاعًا لَّكُمْ وَ
لِلسَّيَّارَةِ ۚ وَحُرِّمَ عَلَيْكُمْ صَيْدُ الْبَرِّ مَا دُمْتُمْ حُرُمًا ۭ
وَاتَّقُوا اللّٰهَ الَّذِيْٓ اِلَيْهِ تُحْشَرُوْنَ ﴿٩٧﴾
جَعَلَ اللّٰهُ الْكَعْبَةَ الْبَيْتَ الْحَرَامَ قِيٰمًا لِّلنَّاسِ وَ
الشَّهْرَ الْحَرَامَ وَالْهَدْيَ وَالْقَلَاۗئِدَ ۭ ذٰلِكَ لِتَعْلَمُوْٓا
اَنَّ اللّٰهَ يَعْلَمُ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ وَاَنَّ

96. Ho vi, kredantoj! Ne mortigu ĉasaĵon dum via pilgrimo. Kiu el vi ĝin intence mortigos, repagu per simila besto kiel la mortigita, el sia bestaro, laŭ la sentenco de du justuloj el vi, kaj la ofero estu alportita al la Ka'ba*; aŭ la puno estu nutri malriĉulojn aŭ fasti, por ke li gustumu la punon pro sia ago. Allah pardonas la pasintaĵojn. Tiun tamen, kiu repekas, Allah punas. Allah vere estas ĉiopova, la Majstro de la puno.

97. Permesitaj estas al vi la ĉasaĵoj de la maro kaj ĝiaj manĝaĵoj, kiel provizaĵo por vi kaj la vojaĝantoj. Malpermesita estas tamen al vi la ĉasaĵo de la lando dum via pilgrimo. Respektegu Allahon, Lin, al kiu vi ĉiuj estos kunvenigitaj.

98. Allah faris la Ka'ban domo sankta, subteno por la homoj; same la sanktan monaton kaj la oferbuĉojn kaj la girlandojn. Tio estas, por ke vi sciu, ke Allah scias tion, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero, kaj ke Allah scias ĉiujn aferojn.

99. Sciu, ke Allah estas severa je l' puno, kaj ke Allah estas senkulpigema, pardonema.

100. La sendito havas nur la devon anonci. Allah scias, kion vi malkaŝas kaj kion vi kaŝas.

101. Diru: "Ne estas egalaj la malbono kaj la bono", ankaŭ se la kvanto de la malbono mirigos vin. Respektegu Allahon, ho vi prudentuloj, por ke vi estu sukcesaj.

* La-plej antikva preĝejo, konstruita de Abraham, kies sola restaĵo, la nigra ŝtono, (aerolito? ), troviĝas en Mekko, enmasonita en la nuna t.n. "Ka'ba".

اللّٰهَ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيْمٌ ﴿٩٨﴾
اِعْلَمُوْٓا اَنَّ اللّٰهَ شَدِيْدُ الْعِقَابِ وَ اَنَّ اللّٰهَ غَفُوْرٌ
رَّحِيْمٌ ﴿٩٩﴾
مَا عَلَى الرَّسُوْلِ اِلَّا الْبَلٰغُ وَ اللّٰهُ يَعْلَمُ مَا تُبْدُوْنَ
وَ مَا تَكْتُمُوْنَ ﴿١٠٠﴾
قُلْ لَّا يَسْتَوِي الْخَبِيْثُ وَ الطَّيِّبُ وَلَوْ اَعْجَبَكَ كَثْرَةُ
الْخَبِيْثِ فَاتَّقُوا اللّٰهَ يٰٓاُولِي الْاَلْبَابِ لَعَلَّكُمْ
تُفْلِحُوْنَ ﴿١٠١﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَسْـَٔلُوْا عَنْ اَشْيَآءَ اِنْ تُبْدَ لَكُمْ
تَسُؤْكُمْ وَاِنْ تَسْـَٔلُوْا عَنْهَا حِيْنَ يُنَزَّلُ الْقُرْاٰنُ
تُبْدَ لَكُمْ عَفَا اللّٰهُ عَنْهَا وَ اللّٰهُ غَفُوْرٌ حَلِيْمٌ ﴿١٠٢﴾
قَدْ سَاَلَهَا قَوْمٌ مِّنْ قَبْلِكُمْ ثُمَّ اَصْبَحُوْا بِهَا
كٰفِرِيْنَ ﴿١٠٣﴾
مَا جَعَلَ اللّٰهُ مِنْ بَحِيْرَةٍ وَّلَا سَآئِبَةٍ وَّلَا وَصِيْلَةٍ
وَّلَا حَامٍ وَّلٰكِنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا يَفْتَرُوْنَ عَلَى اللّٰهِ
الْكَذِبَ وَ اَكْثَرُهُمْ لَا يَعْقِلُوْنَ ﴿١٠٤﴾
وَ اِذَا قِيْلَ لَهُمْ تَعَالَوْا اِلٰى مَآ اَنْزَلَ اللّٰهُ وَ اِلَى
الرَّسُوْلِ قَالُوْا حَسْبُنَا مَا وَجَدْنَا عَلَيْهِ اٰبَآءَنَا اَوَلَوْ
كَانَ اٰبَآؤُهُمْ لَا يَعْلَمُوْنَ شَيْـًٔا وَّلَا يَهْتَدُوْنَ ﴿١٠٥﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا عَلَيْكُمْ اَنْفُسَكُمْ لَا يَضُرُّكُمْ مَّنْ
ضَلَّ اِذَا اهْتَدَيْتُمْ اِلَى اللّٰهِ مَرْجِعُكُمْ جَمِيْعًا
فَيُنَبِّئُكُمْ بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿١٠٦﴾

102. Ho vi, kredantoj! Ne demandu pri aferoj, kiuj estus malagrablaj, se ili estus malkaŝitaj. Se vi tamen demandas pri ili en la tempo, en kiu estas sendata al vi la Korano, ili fariĝas evidentaj por vi. Allah nezorgis pri ili. Allah estas senkulpigema, pardonema.

103. Vere jam iuj demandis pri tio antaŭe, tamen poste ili fariĝis miskredantoj.

104. Allah nenion ordonis pri "Bahira" aŭ "Sa'eba" aŭ "Vasîla" aŭ "Hâm"*; sed la miskredantoj elpensis mensogon kontraŭ Allah, kaj la plej multajel ili ne komprenas.

105. Kiam estas dirite al ili: "Venu al tio, kion Allah sendis, kaj al la sendito", ili diras: "Al ni sufiĉas tio, ĉe kio ni trovis niajn prapatrojn". Ankaŭ se iliaj prapatroj nenion sciis kaj ne estis gvidataj?

106. Ho vi, kredantoj, gardu vin! Ne malutilos al vi la eraranto, kiam vi mem estos gvidataj; la reveno de vi ĉiuj estos al Allah. Tiam Li malkaŝos al vi, kion vi faris.

107. Ho vi, kredantoj! Necesas atesto inter vi, kiam alproksimiĝas al iu el vi la morto en la tempo de la testamento; du justuloj el vi aŭ du fremduloj, se vi vojaĝas tra la lando kaj vin trafas la malfeliĉo de la morto: haltigu ilin post la preĝo. Ili ĵuru per Allah, se vi dubas: "Ni ne ricevos per tio ĉi iun ajn gajnon, eĉ se temas pri parenco, kaj ni ne kaŝos la ateston de Allah; vere, alie ni estus pekuloj".

108. Se tamen estus eksciite, ke ambaŭ estas kulpaj pri mensogo, tiam alvenu du aliaj anstataŭe, el tiuj, kontraŭ kiuj la du atestis. Tiam ĵuru la du novaj per Allah: "Vere nia atesto estas pli laŭvera ol tiu de la du aliaj, kaj ni ne kaŝas; vere, alie ni estus pekuloj".

يا أيها الذين آمنوا شهادة بينكم إذا حضر أحدكم
الموت حين الوصية اثنان ذوا عدل منكم أو
آخران من غيركم إن أنتم ضربتم في الأرض
فأصابتكم مصيبة الموت تحبسونهما من بعد
الصلاة فيقسمان بالله إن ارتبتم لا نشتري به
ثمنا ولو كان ذا قربى ولا نكتم شهادة الله
إنا إذا لمن الآثمين ﴿١٠٦﴾
فإن عثر على أنهما استحقا إثما فآخران يقومان
مقامهما من الذين استحق عليهم الأوليان فيقسمان
بالله لشهادتنا أحق من شهادتهما وما اعتدينا
إنا إذا لمن الظالمين ﴿١٠٧﴾
ذلك أدنى أن يأتوا بالشهادة على وجهها أو يخافوا
أن ترد أيمان بعد أيمانهم واتقوا الله واسمعوا
والله لا يهدي القوم الفاسقين ﴿١٠٨﴾
يوم يجمع الله الرسل فيقول ماذا أجبتم قالوا
لا علم لنا إنك أنت علام الغيوب ﴿١٠٩﴾
إذ قال الله يا عيسى ابن مريم اذكر نعمتي عليك
وعلى والدتك إذ أيدتك بروح القدس تكلم
الناس في المهد وكهلا وإذ علمتك الكتاب و
الحكمة والتوراة والإنجيل وإذ تخلق من الطين
كهيئة الطير بإذني فتنفخ فيها فتكون طيرا بإذني
وتبرئ الأكمه والأبرص بإذني وإذ تخرج الموتى

---

* Diversspecaj bestoj (kameloj kaj kaproj), kiuj estis speciale respektataj de la arabaj idolanoj.

109. Tiel estos pli verŝajne, ke ili donos sian ateston laŭvere, aŭ ke ili timos, ke estos demandita alia atesto post la ilia. Respektegu Allahon kaj aŭskultu! Allah ne gvidas la popolon malobeeman.

110. En la tago, en kiu Allah kunvenigos la senditojn, Li diros: "Kiun respondon vi ricevis? "; ili diros: "Ni nenion scias. Vere Vi estas la Scianto de la Nevideblaĵoj".

111. Kiam Allah diros: "Ho Jesuo, filo de Maria! Memoru Mian favoron al vi kaj al via patrino, kiel Mi fortigis vin per la spirito de la sankteco; vi parolis al la homoj el la lulilo, kaj kiam vi estis plenkreskulo; kaj Mi instruis al vi la Skribon kaj la saĝon kaj la Toraon kaj la Evangelion; kiel vi formis el argilo birdon laŭ Mia ordono, poste vi blovetis sur ĝin kaj ĝi fariĝis birdo laŭ Mia ordono. Kaj vi sanigis la blindulojn kaj la leprulojn laŭ Mia ordono; kaj vi revivigis la mortintojn laŭ Mia ordono; kaj Mi forklinis la idojn de Izrael for de vi, kiam vi venis al ili kun evidentaj signoj. Tiam diris la miskredantoj inter ili: "Tio nenio alia estas ol evidenta magio".

112. Kiam Mi revelaciis al la disĉiploj, ke ili kredu je Mi kaj al Mia sendito, ili diris: "Ni kredas. Atestu, ke ni estas submetiĝintaj".

113. Kiam la disĉiploj diris: "Ho Jesuo, filo de Maria! Ĉu kapablas via Sinjoro sendi al ni tablon kovritan el la ĉielo? ", li diris: "Respektegu Allahon, se vi estas kredantoj".

114. Ili diris: "Ni deziras manĝi el ĝi, por ke trankviliĝu niaj koroj, kaj ni sciu, ke vi parolis al ni laŭvere, kaj ni estu atestantoj".

بإذني وإذ كففت بني إسرائيل عنك إذ جئتهم
بالبينت فقال الذين كفروا منهم إن هذا إلا
سحر مبين ﴿١١١﴾
وإذ أوحيت إلى الحواريين أن آمنوا بي وبرسولي
قالوا آمنا واشهد بأننا مسلمون ﴿١١٢﴾
إذ قال الحواريون يعيسى ابن مريم هل يستطيع
ربك أن ينزل علينا مائدة من السماء قال اتقوا
الله إن كنتم مؤمنين ﴿١١٣﴾
قالوا نريد أن نأكل منها وتطمئن قلوبنا ونعلم
أن قد صدقتنا ونكون عليها من الشهدين ﴿١١٤﴾
قال عيسى ابن مريم اللهم ربنا أنزل علينا مائدة
من السماء تكون لنا عيدا لأولنا وآخرنا وآية
منك وارزقنا وأنت خير الرزقين ﴿١١٥﴾
قال الله إني منزلها عليكم فمن يكفر بعد منكم
فإني أعذبه عذابا لا أعذبه أحدا من العلمين ﴿١١٦﴾
وإذ قال الله يعيسى ابن مريم ءأنت قلت للناس
اتخذوني وأمي إلهين من دون الله قال سبحنك
ما يكون لي أن أقول ما ليس لي بحق إن كنت
قلته فقد علمته تعلم ما في نفسي ولا أعلم
ما في نفسك إنك أنت علام الغيوب ﴿١١٧﴾
ما قلت لهم إلا ما أمرتني به أن اعبدوا الله ربي
وربكم وكنت عليهم شهيدا ما دمت فيهم فلما

115. Diris Jesuo, filo de Maria: ”Ho Allah, nia Sinjoro, sendu al ni tablon kovritan el la ĉielo, por ke ĝi estu por ni festo, por la unua el ni kaj por la lasta, kaj signo de Vi; provizu nin, ĉar Vi estas la plej bona provizanto”.

116. Diris Allah: ”Vere Mi sendos ĝin al vi; kiu el vi tamen poste miskredos, vere Mi punos lin per puno, per kiu Mi neniun alian el ĉiuj gentoj iam antaŭe punis”.

117. Kiam Allah diros: ”Ho Jesuo, filo de Maria! Ĉu vi diris al la homoj: ”Prenu min kaj mian patrinon kiel Diojn, krom Allahon?”, li respondos: ”Sankta estas Vi! Neniam mi povus diri, kion mi ne rajtas. Se mi estus dirinta tion, Vi certe scius. Vi scias, kio estas en mia animo, kaj mi ne scias, kio estas en Vi. Vere Vi estas la Scianto de la Nevideblaĵoj.

118. Nenion mi diris al ili krom tio, kion Vi ordonis al mi: ”Adoru Allahon, mian Sinjoron kaj vian Sinjoron”, kaj mi estis atestanto por ili, dum mi estis inter ili; ek de tiam, kiam Vi prenis mian animon, Vi estas la Gardanto super ili. Vi estas atestanto de ĉiuj aferoj.

119. Se Vi punas ilin, ili estas Viaj servantoj, kaj se Vi pardonas ilin, Vi estas la Ĉiopova, la Saĝa”.

120. Diris Allah: ”Tiu estas tago en kiu utilos por la sinceruloj ilia sincereco. Por ili estos ĝardenoj sub kiuj fluas riveroj. Tie ili restos ĉiam kaj eterne. Ili plaĉos al Allah kaj Li plaĉos al ili. Tio estas grandega feliĉo.

121. De Allah estas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio kio estas inter ili ambaŭ. Li havas povon super ĉiuj aferoj.

تَوَفَّيْتَنِي كُنْتَ أَنْتَ الرَّقِيبَ عَلَيْهِمْ ۚ وَأَنْتَ عَلَىٰ كُلِّ
شَيْءٍ شَهِيدٌ ﴿١١٧﴾
إِنْ تُعَذِّبْهُمْ فَإِنَّهُمْ عِبَادُكَ ۖ وَإِنْ تَغْفِرْ لَهُمْ فَإِنَّكَ
أَنْتَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿١١٨﴾
قَالَ اللَّهُ هَٰذَا يَوْمُ يَنْفَعُ الصَّادِقِينَ صِدْقُهُمْ ۚ
لَهُمْ جَنَّاتٌ تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ خَالِدِينَ
فِيهَا أَبَدًا ۚ رَضِيَ اللَّهُ عَنْهُمْ وَرَضُوا عَنْهُ ۚ ذَٰلِكَ
الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿١١٩﴾
لِلَّهِ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَمَا فِيهِنَّ ۚ وَهُوَ عَلَىٰ
كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿١٢٠﴾ ع ١٦




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, La Donema, la Pardonema.

2. Estu laŭdegata Allah, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron, kaj estigis la mallumon kaj la lumon; tamen la miskredantoj aldonas rivalojn al sia Sinjoro.

3. Estas Li Tiu, kiu kreis vin el argilo; poste Li fiksis la tempon; kaj alia tempo estas konata apud Li. Kaj tamen vi ankoraŭ dubas!

4. Li estas, Allah, en la ĉieloj kaj sur la tero. Li konas viajn videblaĵojn kaj viajn kaŝitaĵojn kaj Li scias, kion vi meritis.

5. Se al ili venas eĉ unu sola signo el la signoj de ilia Sinjoro, ili turnas sin for.

6. Vere ili forĵetis la veron ĉiufoje, kiam ĝi venis al ili; tamen baldaŭ estos anoncita al ili tio, kion ili mokadis.

7. Ĉu ili ne vidis, kiel Ni neniigis kelkajn gentojn antaŭ ili? Ni establis ilin sur la tero, kiel Ni neniam establis vin, kaj Ni sendis super ilin nubojn kun abunda pluvo, kaj Ni igis flui riverojn sub ili. Poste tamen Ni neniigis ilin pro iliaj pekoj, kaj poste Ni vekis post ili alian genton.

8. Eĉ se Ni estus sendinta Libron el pergameno, kiun ili povus tuŝi per siaj manoj, tamen la miskredantoj estus dirintaj: "Ĉi tio nur estas evidenta magio".

9. Ili diras: "Kial ne estas sendita al li anĝelo?". Se tamen Ni estus sendinta anĝelon, ilia afero estus decidita; tiam ili ne estus havintaj prokraston.

بسم الله الرحمن الرحيم (١)
الحمد لله الذي خلق السموت والارض وجعل
الظلمت والنور ثم الذين كفروا بربهم يعدلون (٢)
هو الذي خلقكم من طين ثم قضى اجلا واجل
مسمى عنده ثم انتم تمترون (٣)
وهو الله في السموت وفي الارض يعلم سركم
وجهركم ويعلم ما تكسبون (٤)
وما تأتيهم من اية من ايت ربهم الا كانوا عنها
معرضين (٥)
فقد كذبوا بالحق لما جاءهم فسوف يأتيهم
انبؤا ما كانوا به يستهزءون (٦)
الم يروا كم اهلكنا من قبلهم من قرن مكنهم
في الارض ما لم نمكن لكم وارسلنا السماء عليهم
مدرارا وجعلنا الانهر تجري من تحتهم فاهلكنهم
بذنوبهم وانشانا من بعدهم قرنا اخرين (٧)
ولو نزلنا عليك كتبا في قرطاس فلمسوه بايديهم
لقال الذين كفروا ان هذا الا سحر مبين (٨)
وقالوا لولا انزل عليه ملك ولو انزلنا ملكا لقضي
الامر ثم لا ينظرون (٩)

---

* v. la verson 137an k.sekv.

10. Se Ni estus elektinta anĝelon, Ni tamen estus forminta lin kiel homon, kaj certe Ni estus vestinta lin same, kiel ili estas.

11. Vere aliaj senditoj estis mokitaj antaŭ vi, sed la mokantoj el ili estis ĉirkaŭitaj de tio, kion ili mokis.

12. Diru: "Iradu sur la tero, kaj rigardu kiel finiĝis la negintoj".

13. Diru: "De kiu estas tio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero? ". Diru: "De Allah! " Li ordonis al Si mem kompaton. Li certe kunvenigos vin en la tago de la reviviĝo, pri kiu ne estas dubo. Tiuj, kiuj ruinigas siajn animojn, ne volas kredi.

14. De Li estas tio, kio loĝas en la nokto kaj en la tago. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

15. Diru: "Ĉu mi prenus iun alian ol Allahon, la Kreinton de la ĉieloj kaj de la tero, kiel protektanton? Li, kiu nutras min kaj ne bezonas nutradon? ". Diru: "Al mi estis ordonite esti la unua, kiu submetiĝas". Do ne estu idolano.

16. Diru: "Vere mi timas – se mi malobeus mian Sinjoron – la punon de la terura tago".

17. Al tiu, kiu ricevos indulgon en tiu tago, vere estos montrita graco. Tio estas grandega feliĉo.

18. Se Allah trafas vin per malfeliĉo, neniu povas forpreni ĝin ol Li; kaj se Li ĝojigas vin per feliĉo, do sciu, ke Li havas povon super ĉiuj aferoj.

19. Li estas la Superega super Siaj servantoj; Li estas la Saĝa, la Ĉioscia.

وَلَوْ جَعَلْنٰهُ مَلَكًا لَّجَعَلْنٰهُ رَجُلًا وَّلَلَبَسْنَا عَلَيْهِمْ
مَّا يَلْبِسُوْنَ ﴿١٠﴾
وَلَقَدِ اسْتُهْزِئَ بِرُسُلٍ مِّنْ قَبْلِكَ فَحَاقَ بِالَّذِيْنَ
سَخِرُوْا مِنْهُمْ مَّا كَانُوْا بِهٖ يَسْتَهْزِءُوْنَ ﴿١١﴾ ع
قُلْ سِيْرُوْا فِي الْاَرْضِ ثُمَّ انْظُرُوْا كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ
الْمُكَذِّبِيْنَ ﴿١٢﴾
قُلْ لِّمَنْ مَّا فِي السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۗ قُلْ لِّلّٰهِ ۗ كَتَبَ عَلٰى
نَفْسِهِ الرَّحْمَةَ ۗ لَيَجْمَعَنَّكُمْ اِلٰى يَوْمِ الْقِيٰمَةِ لَا رَيْبَ
فِيْهِ ۗ اَلَّذِيْنَ خَسِرُوْا اَنْفُسَهُمْ فَهُمْ لَا يُؤْمِنُوْنَ ﴿١٣﴾
وَلَهٗ مَا سَكَنَ فِي الَّيْلِ وَالنَّهَارِ ۗ وَهُوَ السَّمِيْعُ الْعَلِيْمُ ﴿١٤﴾
قُلْ اَغَيْرَ اللّٰهِ اَتَّخِذُ وَلِيًّا فَاطِرِ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ
وَهُوَ يُطْعِمُ وَلَا يُطْعَمُ ۗ قُلْ اِنِّيْٓ اُمِرْتُ اَنْ اَكُوْنَ
اَوَّلَ مَنْ اَسْلَمَ وَلَا تَكُوْنَنَّ مِنَ الْمُشْرِكِيْنَ ﴿١٥﴾
قُلْ اِنِّيْٓ اَخَافُ اِنْ عَصَيْتُ رَبِّيْ عَذَابَ يَوْمٍ عَظِيْمٍ ﴿١٦﴾
مَنْ يُّصْرَفْ عَنْهُ يَوْمَئِذٍ فَقَدْ رَحِمَهٗ ۗ وَذٰلِكَ الْفَوْزُ
الْمُبِيْنُ ﴿١٧﴾
وَاِنْ يَّمْسَسْكَ اللّٰهُ بِضُرٍّ فَلَا كَاشِفَ لَهٗٓ اِلَّا هُوَ ۗ
وَاِنْ يَّمْسَسْكَ بِخَيْرٍ فَهُوَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿١٨﴾
وَهُوَ الْقَاهِرُ فَوْقَ عِبَادِهٖ ۗ وَهُوَ الْحَكِيْمُ الْخَبِيْرُ ﴿١٩﴾
قُلْ اَيُّ شَيْءٍ اَكْبَرُ شَهَادَةً ۗ قُلِ اللّٰهُ ۙ شَهِيْدٌۢ بَيْنِيْ
وَبَيْنَكُمْ ۗ وَاُوْحِيَ اِلَيَّ هٰذَا الْقُرْاٰنُ لِاُنْذِرَكُمْ بِهٖ
وَمَنْۢ بَلَغَ ۗ اَئِنَّكُمْ لَتَشْهَدُوْنَ اَنَّ مَعَ اللّٰهِ اٰلِهَةً

20. Diru: "Kio estas plej grava kiel atestaĵo? ". Diru: "Allah estas atestanto inter mi kaj vi. Al mi estis revelaciita ĉi tiu Korano, por ke mi admonu vin kaj ĉiujn, kiujn ĝi atingos. Ĉu vi vere volas anonci, ke krom Allah ekzistas aliaj Dioj? ". Diru: "Mi ne anoncos tion". Diru: "Vere Li estas la Dio ununura, kaj mi estas malproksima de tio, kion vi adoras".

21. Tiuj, al kiuj Ni donis la Libron, rekonas ĝin, kiel ili rekonas siajn filojn. Tiuj, kiuj ruinigas siajn animojn, ne kredas.

22. Kiu estas pli maljusta ol tiu, kiu elpensas mensogojn kontraŭ Allah aŭ negas Liajn signojn? La pekuloj ne sukcesos.

23. En unu tago Ni kunvenigos ilin ĉiujn kaj Ni diros al la idolanoj: "Kie estas la kunuloj, kiujn vi supozis ekzisti? ".

24. Poste ili ne havos alian pretekston, ol diri: "Per Allah, nia Sinjoro, ni ne estis idolanoj".

25. Rigardu, kiel ili mensogas kontraŭ si mem, kaj kiel tio, kion ili elpensis, forlasis ilin.

26. Inter ili estas iuj, kiuj aŭskultas vin, sed Ni metis vualojn sur iliajn korojn, tiel ke ili ne komprenas, kaj surdecon en iliajn orelojn. Eĉ se ili vidus ĉiun signon, ili ne kredus je ĝi; kontraŭe, ili disputos kun vi, kiam ili venos al vi; la miskredantoj diros: "Tio ne estas io alia, ol la fabeloj de la praavoj".

27. Ili malhelpas aliajn veni al ĝi, kaj restas ili mem malproksime de ĝi; kaj se ili ruinigas iun, tio estas nur ili mem; ili tamen ne komprenas tion.

أُخْرَىٰ قُل لَّا أَشْهَدُ قُلْ إِنَّمَا هُوَ إِلَٰهٌ وَاحِدٌ وَ
إِنَّنِي بَرِيءٌ مِّمَّا تُشْرِكُونَ ﴿٢٠﴾
الَّذِينَ آتَيْنَاهُمُ الْكِتَابَ يَعْرِفُونَهُ كَمَا يَعْرِفُونَ
أَبْنَاءَهُمُ الَّذِينَ خَسِرُوا أَنفُسَهُمْ فَهُمْ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿٢١﴾ ع
وَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنِ افْتَرَىٰ عَلَى اللَّهِ كَذِبًا أَوْ كَذَّبَ
بِآيَاتِهِ إِنَّهُ لَا يُفْلِحُ الظَّالِمُونَ ﴿٢٢﴾
وَيَوْمَ نَحْشُرُهُمْ جَمِيعًا ثُمَّ نَقُولُ لِلَّذِينَ أَشْرَكُوا
أَيْنَ شُرَكَاؤُكُمُ الَّذِينَ كُنتُمْ تَزْعُمُونَ ﴿٢٣﴾
ثُمَّ لَمْ تَكُن فِتْنَتُهُمْ إِلَّا أَن قَالُوا وَاللَّهِ رَبِّنَا مَا
كُنَّا مُشْرِكِينَ ﴿٢٤﴾
انظُرْ كَيْفَ كَذَبُوا عَلَىٰ أَنفُسِهِمْ وَضَلَّ عَنْهُم مَّا كَانُوا
يَفْتَرُونَ ﴿٢٥﴾
وَمِنْهُم مَّن يَسْتَمِعُ إِلَيْكَ وَجَعَلْنَا عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ
أَكِنَّةً أَن يَفْقَهُوهُ وَفِي آذَانِهِمْ وَقْرًا وَإِن يَرَوْا
كُلَّ آيَةٍ لَّا يُؤْمِنُوا بِهَا حَتَّىٰ إِذَا جَاءُوكَ يُجَادِلُونَكَ
يَقُولُ الَّذِينَ كَفَرُوا إِنْ هَٰذَا إِلَّا أَسَاطِيرُ الْأَوَّلِينَ ﴿٢٦﴾
وَهُمْ يَنْهَوْنَ عَنْهُ وَيَنْأَوْنَ عَنْهُ وَإِن يُهْلِكُونَ
إِلَّا أَنفُسَهُمْ وَمَا يَشْعُرُونَ ﴿٢٧﴾
وَلَوْ تَرَىٰ إِذْ وُقِفُوا عَلَى النَّارِ فَقَالُوا يَا لَيْتَنَا نُرَدُّ وَ
لَا نُكَذِّبَ بِآيَاتِ رَبِّنَا وَنَكُونَ مِنَ الْمُؤْمِنِينَ ﴿٢٨﴾
بَلْ بَدَا لَهُم مَّا كَانُوا يُخْفُونَ مِن قَبْلُ وَلَوْ رُدُّوا
لَعَادُوا لِمَا نُهُوا عَنْهُ وَإِنَّهُمْ لَكَاذِبُونَ ﴿٢٩﴾

28. Se vi nur vidus, kiel ili estos starigitaj antaŭ la fajro. Tiam ili diros: "Ho! Se nur ni povus esti resenditaj! Ni ne plu negus la signojn de nia Sinjoro kaj ni estus kredantoj! ".

29. Ne! Por ili fariĝis klara nur tio, kion ili kutimis kaŝi antaŭe. Sed se ili estus resenditaj, ili certe revenus al la malpermesitaĵoj; vere ili estas mensoguloj.

30. Ili diras: "Ne ekzistas alia vivo ol ĉi tiu, kaj ni ne estos revivigitaj".

31. Se vi nur vidus, kiel ili estos starigitaj antaŭ sia Sinjoro! Li diros al ili: "Ĉu la vero ne estas ĉi tiu? ". Ili respondos: "Jes, per nia Sinjoro". Li diros: "Tiam gustumu la punon, ĉar vi estis miskredantoj".

32. Vere estos perdantoj tiuj, kiuj negas la renkonton kun Allah. Kiam tamen la horo neatendita venos super ilin, ili diros: "Ho ve al ni! ĉar ni malzorgis pri ĉi tiu horo! ". Kaj ili portos sur siaj dorsoj la ŝarĝojn. Ĉu ne estas malbonega ilia ŝarĝo?

33. Ĉi tiu vivo nenio alia estas ol ludo kaj amuzado. Vere la loĝejo en la vivo venonta estos pli bona por la justuloj. Ĉu vi ne komprenas?

34. Ni bone scias, vin ĉagrenas tio, kion ili diras; fakte ili ne rifuzas vin; tio, kion la pekuloj rifuzas, estas la revelacioj de Allah.

35. Certe antaŭ vi estis kulpigitaj pri mensogo aliaj senditoj; tamen, kvankam ili estis kulpigitaj kaj persekutitaj, ili estis paciencaj, ĝis venis al ili Nia helpo. Kaj neniu sukcesis ŝanĝi la vortojn de Allah. Vere venis al vi novaĵoj de aliaj senditoj.

36. Se ilia malbonvolo malĝojigas vin, se vi povus trovi malfermaĵon en la teron aŭ ŝtuparon al la ĉielo por alporti al ili sig-

وَقَالُوٓا إِنْ هِيَ إِلَّا حَيَاتُنَا الدُّنْيَا وَمَا نَحْنُ بِمَبْعُوثِينَ ٣٠
وَلَوْ تَرَىٰٓ إِذْ وُقِفُوا عَلَىٰ رَبِّهِمْ قَالَ أَلَيْسَ هَٰذَا بِالْحَقِّ
قَالُوا بَلَىٰ وَرَبِّنَا قَالَ فَذُوقُوا الْعَذَابَ بِمَا كُنتُمْ
ع تَكْفُرُونَ ٣١
قَدْ خَسِرَ الَّذِينَ كَذَّبُوا بِلِقَآءِ اللَّهِ حَتَّىٰٓ إِذَا جَآءَتْهُمُ
السَّاعَةُ بَغْتَةً قَالُوا يَٰحَسْرَتَنَا عَلَىٰ مَا فَرَّطْنَا فِيهَا
وَهُمْ يَحْمِلُونَ أَوْزَارَهُمْ عَلَىٰ ظُهُورِهِمْ أَلَا سَآءَ مَا
يَزِرُونَ ٣٢
وَمَا الْحَيَوٰةُ الدُّنْيَآ إِلَّا لَعِبٌ وَلَهْوٌ وَلَلدَّارُ الْآخِرَةُ
خَيْرٌ لِّلَّذِينَ يَتَّقُونَ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ٣٣
قَدْ نَعْلَمُ إِنَّهُ لَيَحْزُنُكَ الَّذِي يَقُولُونَ فَإِنَّهُمْ لَا
يُكَذِّبُونَكَ وَلَٰكِنَّ الظَّٰلِمِينَ بِـَٔايَٰتِ اللَّهِ يَجْحَدُونَ ٣٤
وَلَقَدْ كُذِّبَتْ رُسُلٌ مِّن قَبْلِكَ فَصَبَرُوا عَلَىٰ مَا كُذِّبُوا
وَأُوذُوا حَتَّىٰٓ أَتَىٰهُمْ نَصْرُنَا وَلَا مُبَدِّلَ لِكَلِمَٰتِ اللَّهِ
وَلَقَدْ جَآءَكَ مِن نَّبَإِي الْمُرْسَلِينَ ٣٥
وَإِن كَانَ كَبُرَ عَلَيْكَ إِعْرَاضُهُمْ فَإِنِ اسْتَطَعْتَ أَن
تَبْتَغِيَ نَفَقًا فِي الْأَرْضِ أَوْ سُلَّمًا فِي السَّمَآءِ فَتَأْتِيَهُم
بِـَٔايَةٍ وَلَوْ شَآءَ اللَّهُ لَجَمَعَهُمْ عَلَى الْهُدَىٰ فَلَا
تَكُونَنَّ مِنَ الْجَٰهِلِينَ ٣٦
إِنَّمَا يَسْتَجِيبُ الَّذِينَ يَسْمَعُونَ وَالْمَوْتَىٰ يَبْعَثُهُمُ
اللَّهُ ثُمَّ إِلَيْهِ يُرْجَعُونَ ٣٧
وَقَالُوا لَوْلَا نُزِّلَ عَلَيْهِ ءَايَةٌ مِّن رَّبِّهِ قُلْ إِنَّ اللَّهَ

non, vi tion farus. Se Allah volus, Li jam estus gvidinta ilin al la rekta vojo. Do ne estu ankaŭ vi malklerulo!

37. Vere nur komprenas tiuj, kiuj aŭskultas. La mortintojn Allah revekos, poste ili revenos al Li.

38. Ili diras: "Kial ne estis sendita signo al li de lia Sinjoro? ". Diru: "Vere Allah havas la povon sendi signon, sed la plej multaj el ili ne scias tion".

39. Ne ekzistas iuj bestoj sur la tero, nek birdoj flugantaj per siaj flugiloj, kiuj ne estus en societoj similaj al via. Ni nenion preteratentis en la Libro. Poste ili estos kunvenigitaj al sia Sinjoro.

40. Tiuj, kiuj rifuzis Niajn signojn, estas surdaj kaj mutaj en la mallumo. Allah erarigas, kiun Li volas, kaj Li direktas al la rekta vojo, kiun Li volas.

41. Diru: "Kion vi pensas? Kiam falos sur vin la puno de Allah aŭ kiam atingos vin la Horo, ĉu vi vokos iun alian ol Allahon, se vi estas sinceraj?

42. Ne! Nur Lin vi vokos kaj tiam Li forprenos de vi tion, pro kio vi vokis, se Li volos, kaj vi forgesos tion, kion vi estis aldonintaj al Li".

43. Vere antaŭ vi Ni jam sendis iujn al la popoloj, poste Ni afliktis la popolojn per malriĉeco kaj malfeliĉo, por ke ili humiliĝu.

44. Kial do ili ne humiliĝis, kiam Nia puno falis sur ilin? Sed iliaj koroj estis malmoliĝintaj, kaj Satano beligis al ili tion, kion ili faris.

45. Kiam ili forgesis tion, kio estis memorigita al ili, Ni malfermis por ili la pordojn de ĉiuj aferoj, ĝis Ni ekprenis ilin subite,

قَادِرٌ عَلٰٓى اَنْ يُّنَزِّلَ اٰيَةً وَّلٰكِنَّ اَكْثَرَهُمْ لَا
يَعْلَمُوْنَ ﴿٣٨﴾
وَمَا مِنْ دَآبَّةٍ فِي الْاَرْضِ وَلَا طٰٓئِرٍ يَّطِيْرُ بِجَنَاحَيْهِ
اِلَّآ اُمَمٌ اَمْثَالُكُمْ ؕ مَا فَرَّطْنَا فِي الْكِتٰبِ مِنْ شَيْءٍ ثُمَّ
اِلٰى رَبِّهِمْ يُحْشَرُوْنَ ﴿٣٩﴾
وَالَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا صُمٌّ وَّبُكْمٌ فِي الظُّلُمٰتِ ؕ
مَنْ يَّشَاِ اللّٰهُ يُضْلِلْهُ ؕ وَمَنْ يَّشَاْ يَجْعَلْهُ عَلٰى صِرَاطٍ
مُّسْتَقِيْمٍ ﴿٤٠﴾
قُلْ اَرَءَيْتَكُمْ اِنْ اَتٰىكُمْ عَذَابُ اللّٰهِ اَوْ اَتَتْكُمُ السَّاعَةُ
اَغَيْرَ اللّٰهِ تَدْعُوْنَ ۚ اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿٤١﴾
بَلْ اِيَّاهُ تَدْعُوْنَ فَيَكْشِفُ مَا تَدْعُوْنَ اِلَيْهِ اِنْ شَآءَ
وَتَنْسَوْنَ مَا تُشْرِكُوْنَ ﴿٤٢﴾
وَلَقَدْ اَرْسَلْنَآ اِلٰٓى اُمَمٍ مِّنْ قَبْلِكَ فَاَخَذْنٰهُمْ بِالْبَاْسَآءِ
وَالضَّرَّآءِ لَعَلَّهُمْ يَتَضَرَّعُوْنَ ﴿٤٣﴾
فَلَوْلَآ اِذْ جَآءَهُمْ بَاْسُنَا تَضَرَّعُوْا وَلٰكِنْ قَسَتْ قُلُوْبُهُمْ
وَزَيَّنَ لَهُمُ الشَّيْطٰنُ مَا كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ ﴿٤٤﴾
فَلَمَّا نَسُوْا مَا ذُكِّرُوْا بِهٖ فَتَحْنَا عَلَيْهِمْ اَبْوَابَ كُلِّ
شَيْءٍ ؕ حَتّٰٓى اِذَا فَرِحُوْا بِمَآ اُوْتُوْٓا اَخَذْنٰهُمْ بَغْتَةً
فَاِذَا هُمْ مُّبْلِسُوْنَ ﴿٤٥﴾
فَقُطِعَ دَابِرُ الْقَوْمِ الَّذِيْنَ ظَلَمُوْا ؕ وَالْحَمْدُ لِلّٰهِ رَبِّ
الْعٰلَمِيْنَ ﴿٤٦﴾
قُلْ اَرَءَيْتُمْ اِنْ اَخَذَ اللّٰهُ سَمْعَكُمْ وَاَبْصَارَكُمْ وَخَتَمَ

post kiam ili ĝojis pro tio, kio estis donita al ili, kaj Ni ĵetis ilin en malesperon!

46. Tiam la restaĵo el la popolo malbonfaranta estis disigita; estu laŭdegata Allah, la Sinjoro de l' Universo!

47. Diru: "Kion vi imagas? Se Allah forprenus vian aŭdadon kaj vian vidadon kaj sigelus viajn korojn, kiu Dio alia ol Allah povus redoni ilin al vi? ". Rigardu, kiel Ni variigas la signojn. Tamen poste ili turnas sin for.

48. Diru: "Kion vi imagas? Kiam la puno de Allah neatendita aŭ malkaŝita falos sur vin, ĉu estos neniigita iu alia ol la popolo pekema? ".

49. Ni nur sendis la senditojn kiel portantojn de bonaj novaĵoj kaj kiel admonantojn. Por tiuj, kiuj kredas kaj pentas, vere plu ne estos timo nek malgajeco.

50. Tiujn tamen, kiuj rifuzis Niajn signojn, atingos la puno, ĉar ili estas malobeemaj.

51. Diru: "Mi ne diras al vi: "Ĉe mi estas la trezoroj de Allah", nek "Mi scias la Nevideblaĵojn", nek mi diras al vi: "Mi vere estas anĝelo". Mi observas nur tion, kio estis revelaciita al mi". Diru: "Ĉu blindulo kaj vidanto estas egalaj? Ĉu vi ne volas pripensi? ".

52. Do admonu per ĝi tiujn, kiuj timas esti kunvenigitaj al sia Sinjoro — ili tamen ne havos protektanton aŭ propetanton —, por ke ili fariĝu justuloj.

53. Ne forpelu tiujn, kiuj vokas sian Sinjoron matene kaj vespere, dezirегante vidi Lin. Vi ne estos devigita responsi pri ili, kaj ili ne estos devigitaj responsi pri vi. Se vi forpelos ilin, vi mem estos pekulo.

عَلٰى قُلُوْبِكُمْ مَّنْ اِلٰهٌ غَيْرُ اللّٰهِ يَاْتِيْكُمْ بِهٖ ؕ اُنْظُرْ
كَيْفَ نُصَرِّفُ الْاٰيٰتِ ثُمَّ هُمْ يَصْدِفُوْنَ ﴿٤٧﴾
قُلْ اَرَءَيْتَكُمْ اِنْ اَتٰىكُمْ عَذَابُ اللّٰهِ بَغْتَةً اَوْ
جَهْرَةً هَلْ يُهْلَكُ اِلَّا الْقَوْمُ الظّٰلِمُوْنَ ﴿٤٨﴾
وَمَا نُرْسِلُ الْمُرْسَلِيْنَ اِلَّا مُبَشِّرِيْنَ وَمُنْذِرِيْنَ ۚ
فَمَنْ اٰمَنَ وَاَصْلَحَ فَلَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ
يَحْزَنُوْنَ ﴿٤٩﴾
وَالَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا يَمَسُّهُمُ الْعَذَابُ بِمَا كَانُوْا
يَفْسُقُوْنَ ﴿٥٠﴾
قُلْ لَّاۤ اَقُوْلُ لَكُمْ عِنْدِيْ خَزَآئِنُ اللّٰهِ وَلَاۤ اَعْلَمُ
الْغَيْبَ وَلَاۤ اَقُوْلُ لَكُمْ اِنِّيْ مَلَكٌ ۚ اِنْ اَتَّبِعُ اِلَّا مَا
يُوْحٰۤى اِلَيَّ ؕ قُلْ هَلْ يَسْتَوِي الْاَعْمٰى وَالْبَصِيْرُ ؕ اَفَلَا
تَتَفَكَّرُوْنَ ﴿٥١﴾ ع
وَاَنْذِرْ بِهِ الَّذِيْنَ يَخَافُوْنَ اَنْ يُّحْشَرُوْۤا اِلٰى رَبِّهِمْ
لَيْسَ لَهُمْ مِّنْ دُوْنِهٖ وَلِيٌّ وَّلَا شَفِيْعٌ لَّعَلَّهُمْ
يَتَّقُوْنَ ﴿٥٢﴾
وَلَا تَطْرُدِ الَّذِيْنَ يَدْعُوْنَ رَبَّهُمْ بِالْغَدٰوةِ وَالْعَشِيِّ
يُرِيْدُوْنَ وَجْهَهٗ ؕ مَا عَلَيْكَ مِنْ حِسَابِهِمْ مِّنْ شَيْءٍ
وَّمَا مِنْ حِسَابِكَ عَلَيْهِمْ مِّنْ شَيْءٍ فَتَطْرُدَهُمْ فَتَكُوْنَ
مِنَ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٥٣﴾
وَكَذٰلِكَ فَتَنَّا بَعْضَهُمْ بِبَعْضٍ لِّيَقُوْلُوْۤا اَهٰۤؤُلَآءِ
مَنَّ اللّٰهُ عَلَيْهِمْ مِّنْۢ بَيْنِنَا ؕ اَلَيْسَ اللّٰهُ بِاَعْلَمَ

54. Simile Ni elprovis iujn el ili, por ke ili diru: "Ĉu estas ili tiuj, al kiuj inter ni Allah estis favora? " Ĉu Allah ne konas la dankemulojn?

55. Kiam venos al vi tiuj, kiuj kredas je Niaj signoj, diru: "La paco estu kun vi! Via Sinjoro devigis Sin al kompato; se iu el vi pro nescio malbonfaros, kaj pentos, kaj pliboniĝos, tiam sciu, ke Li estas la Senkulpigema, la Pardonema".

56. Pro tio Ni klarigos la signojn, tiel ke la vojo de la pekuloj fariĝos evidenta.

57. Diru: "Estas malpermesite al mi adori tiujn, kiujn vi vokas aldone al Allah". Diru: "Mi ne sekvos viajn malbonajn dezirojn. Alie mi devojiĝus, kaj ne estus gvidata".

58. Diru: "Vere mia pruvo estas la evidentaj signoj de mia Sinjoro. Vi male negas ilin. Tio, kion vi deziras akceli, ne estas en mia povo. Nur ĉe Allah estas la decido. Li klarigas la veron kaj Li estas la plej bona juĝanto".

59. Diru: "Se tio, kion vi dezirus akceli, estus en mia povo, tiam la afero estus decidebla inter mi kaj vi". Allah konas la pekulojn.

60. Ĉe Li estas la ŝlosilo de la Nevideblaĵoj, neniu konas ĝin krom Li kaj Li scias ĉion, kio estas sur la tero kaj en la maro, kaj ne falas eĉ folio sen Lia scio, kaj ne estas grajno en la mallumo de la tero kaj nenio verda aŭ seka ekzistas, kiuj ne estas registritaj en klara Libro.

61. Estas Li Tiu, kiu forprenas viajn animojn nokte, kaj scias, kion vi faras tage. Poste Li restarigas vin en tio, por ke la fiksita tempo estu plenumita; tiam vi revenos al Li, poste Li sciigos al vi, kion vi faris.

بِالشّٰكِرِيْنَ ۝٥٤
وَاِذَا جَآءَكَ الَّذِيْنَ يُؤْمِنُوْنَ بِاٰيٰتِنَا فَقُلْ سَلٰمٌ
عَلَيْكُمْ كَتَبَ رَبُّكُمْ عَلٰى نَفْسِهِ الرَّحْمَةَ ۙ اَنَّهٗ مَنْ
عَمِلَ مِنْكُمْ سُوْٓءًا بِجَهَالَةٍ ثُمَّ تَابَ مِنْۢ بَعْدِهٖ
وَاَصْلَحَ فَاَنَّهٗ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ۝٥٥
ع وَكَذٰلِكَ نُفَصِّلُ الْاٰيٰتِ وَلِتَسْتَبِيْنَ سَبِيْلُ الْمُجْرِمِيْنَ ۝٥٦
قُلْ اِنِّيْ نُهِيْتُ اَنْ اَعْبُدَ الَّذِيْنَ تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ
اللّٰهِ ؕ قُلْ لَّآ اَتَّبِعُ اَهْوَآءَكُمْ ۙ قَدْ ضَلَلْتُ اِذًا وَّمَآ
اَنَا مِنَ الْمُهْتَدِيْنَ ۝٥٧
قُلْ اِنِّيْ عَلٰى بَيِّنَةٍ مِّنْ رَّبِّيْ وَكَذَّبْتُمْ بِهٖ ؕ مَا عِنْدِيْ
مَا تَسْتَعْجِلُوْنَ بِهٖ ؕ اِنِ الْحُكْمُ اِلَّا لِلّٰهِ ؕ يَقُصُّ الْحَقَّ
وَهُوَ خَيْرُ الْفٰصِلِيْنَ ۝٥٨
قُلْ لَّوْ اَنَّ عِنْدِيْ مَا تَسْتَعْجِلُوْنَ بِهٖ لَقُضِيَ الْاَمْرُ
بَيْنِيْ وَبَيْنَكُمْ ؕ وَاللّٰهُ اَعْلَمُ بِالظّٰلِمِيْنَ ۝٥٩
وَعِنْدَهٗ مَفَاتِحُ الْغَيْبِ لَا يَعْلَمُهَآ اِلَّا هُوَ ؕ وَيَعْلَمُ
مَا فِي الْبَرِّ وَالْبَحْرِ ؕ وَمَا تَسْقُطُ مِنْ وَّرَقَةٍ اِلَّا يَعْلَمُهَا
وَلَا حَبَّةٍ فِيْ ظُلُمٰتِ الْاَرْضِ وَلَا رَطْبٍ وَّلَا يَابِسٍ
اِلَّا فِيْ كِتٰبٍ مُّبِيْنٍ ۝٦٠
وَهُوَ الَّذِيْ يَتَوَفّٰىكُمْ بِالَّيْلِ وَيَعْلَمُ مَا جَرَحْتُمْ
بِالنَّهَارِ ثُمَّ يَبْعَثُكُمْ فِيْهِ لِيُقْضٰٓى اَجَلٌ مُّسَمًّى ۚ ثُمَّ
ع اِلَيْهِ مَرْجِعُكُمْ ثُمَّ يُنَبِّئُكُمْ بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ۝٦١
وَهُوَ الْقَاهِرُ فَوْقَ عِبَادِهٖ وَيُرْسِلُ عَلَيْكُمْ حَفَظَةً

62. Li estas la Eminenta super Siaj servantoj kaj Li sendas gardantojn por vi, ĝis la morto venos por ĉiu el vi. Niaj senditoj* forprenas lian animon, kaj ili ne eraras.

63. Poste ili estos resenditaj al Allah, ilia vera Sinjoro. Aŭskultu! Lia estas la juĝo, kaj Li estas la plej rapida el la juĝantoj.

64. Diru: "Kiu liberigos vin de la danĝeroj de la tero kaj de la maro, kiam vi vokos Lin humile kaj sekrete dirante: Se Li liberigus nin de ĉi tio ni certe estus dankemaj? ".

65. Diru: "Allah liberigas vin de tio kaj de ĉiu malĝojo kaj tamen vi aldonas rivalojn al Li".

66. Diru: "Li havas la povon malsuprenigi la punon sur vin el supre aŭ el sub viaj piedoj, aŭ por konfuzi vin disigante, kaj por igi vin gustumi la perforton unu de la alia". Rigardu, kiel Ni pligrandigas la signojn, por ke ili komprenu!

67. Via popolo (ho sendito) rifuzis ĝin, kvankam ĝi estas la vero. Diru: "Mi ne estas gardanto super vi".

68. Por ĉiu profetaĵo estas fiksita tempo; vi baldaŭ scios.

69. Kiam vi vidos tiujn, kiuj faras vanajn parolojn pri Niaj signoj, turnu vin for de ili, ĝis ili okupiĝos pri alia parolo. Kaj se Satano igas vin forgesi, tiam ne plu sidu, kiam vi rememoros, kun la popolo pekema.

70. La justuloj ne devos iel responsi pri ili, sed ili devas admoni ilin, por ke ili resaĝiĝu.

حَتّٰىٓ إِذَا جَآءَ أَحَدَكُمُ الْمَوْتُ تَوَفَّتْهُ رُسُلُنَا وَهُمْ
لَا يُفَرِّطُونَ ﴿٦٢﴾
ثُمَّ رُدُّوٓا إِلَى اللّٰهِ مَوْلٰىهُمُ الْحَقِّ ۚ أَلَا لَهُ الْحُكْمُ وَهُوَ
أَسْرَعُ الْحٰسِبِينَ ﴿٦٣﴾
قُلْ مَنْ يُنَجِّيكُمْ مِنْ ظُلُمٰتِ الْبَرِّ وَالْبَحْرِ تَدْعُونَهُ
تَضَرُّعًا وَخُفْيَةً ۚ لَئِنْ أَنْجٰىنَا مِنْ هٰذِهِ لَنَكُونَنَّ
مِنَ الشّٰكِرِينَ ﴿٦٤﴾
قُلِ اللّٰهُ يُنَجِّيكُمْ مِنْهَا وَمِنْ كُلِّ كَرْبٍ ثُمَّ أَنْتُمْ
تُشْرِكُونَ ﴿٦٥﴾
قُلْ هُوَ الْقَادِرُ عَلٰىٓ أَنْ يَبْعَثَ عَلَيْكُمْ عَذَابًا مِنْ
فَوْقِكُمْ أَوْ مِنْ تَحْتِ أَرْجُلِكُمْ أَوْ يَلْبِسَكُمْ شِيَعًا
وَيُذِيقَ بَعْضَكُمْ بَأْسَ بَعْضٍ ۗ اُنْظُرْ كَيْفَ نُصَرِّفُ
الْأٰيٰتِ لَعَلَّهُمْ يَفْقَهُونَ ﴿٦٦﴾
وَكَذَّبَ بِهِ قَوْمُكَ وَهُوَ الْحَقُّ ۚ قُلْ لَسْتُ عَلَيْكُمْ
بِوَكِيلٍ ﴿٦٧﴾
لِكُلِّ نَبَإٍ مُسْتَقَرٌّ ۚ وَسَوْفَ تَعْلَمُونَ ﴿٦٨﴾
وَإِذَا رَأَيْتَ الَّذِينَ يَخُوضُونَ فِيٓ أٰيٰتِنَا فَأَعْرِضْ
عَنْهُمْ حَتّٰى يَخُوضُوا فِي حَدِيثٍ غَيْرِهِ ۚ وَإِمَّا
يُنْسِيَنَّكَ الشَّيْطٰنُ فَلَا تَقْعُدْ بَعْدَ الذِّكْرٰى مَعَ
الْقَوْمِ الظّٰلِمِينَ ﴿٦٩﴾
وَمَا عَلَى الَّذِينَ يَتَّقُونَ مِنْ حِسَابِهِمْ مِنْ شَيْءٍ
وَلٰكِنْ ذِكْرٰى لَعَلَّهُمْ يَتَّقُونَ ﴿٧٠﴾

* La anĝeloj

71. Kaj lasu tiujn, kiuj rigardas sian religion nur kiel ludon kaj amuzadon, kaj kies vivo estas ruinigita. Admonu per ĝi, por ke eĉ ne unu animo pereu pro siaj agoj. Ĝi ne trovos protektanton aŭ propetanton krom Allahon; kaj neniu elaĉeto estos akceptita de ĝi, eĉ se ĝi ĝin proponos. Estas ili tiuj, kiuj estas liveritaj al la neniigo pro siaj agoj. Por ili estos trinkaĵo el bolanta akvo, kaj terura turmento, ĉar ili estas miskredantoj.

72. Diru: "Ĉu ni alvoku krom Allahon tion, kio ne povas helpi nek malhelpi nin, kaj ĉu ni turnu nin sur niaj kalkanoj, post kiam Allah gvidis nin, kiel iu, kiun la Satanoj delogis, lasante lin konfuzitan en la lando, kaj kiu havas kunulojn, kiuj vokas lin al la gvidado dirante: "Venu al ni? ". Diru: "Vere la gvidado de Allah estas la sola gvidado, kaj al ni estis ordonite, ke ni submetiĝu al la Sinjoro de la Universo,

73. kaj ke ni levu la preĝon kaj ke ni respektegu Lin. Li estas Tiu, al kiu vi estos kunvenigitaj".

74. Li estas Tiu, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron laŭ vero, kaj en la tago, en kiu Li diros: "Estu", ĝi* estos. Lia vorto estas la vero. De Li estos la suvereneco en la tago, en kiu estos blovate en la trumpeton. La Scianto de la Nevideblaĵoj kaj de la Videblaĵoj. Li estas la Saĝa, la Ĉioscia.

75. Kiam Abraham diris al sia patro Aazar: "Ĉu vi prenas idolojn kiel Diojn? Vere mi vidas vin kaj vian popolon en evidenta erarado".

76. Tiel Ni montris al Abraham la regnon de la ĉieloj kaj de la tero, por ke li fariĝu firme kredanta.

وَذَرِ الَّذِينَ اتَّخَذُوا دِينَهُمْ لَعِبًا وَلَهْوًا وَغَرَّتْهُمُ
الْحَيٰوةُ الدُّنْيَا وَذَكِّرْ بِهِ أَنْ تُبْسَلَ نَفْسٌ بِمَا كَسَبَتْ
لَيْسَ لَهَا مِنْ دُونِ اللّٰهِ وَلِيٌّ وَلَا شَفِيعٌ وَإِنْ
تَعْدِلْ كُلَّ عَدْلٍ لَا يُؤْخَذْ مِنْهَا أُولٰٓئِكَ الَّذِينَ
أُبْسِلُوا بِمَا كَسَبُوا لَهُمْ شَرَابٌ مِنْ حَمِيمٍ وَعَذَابٌ
أَلِيمٌ بِمَا كَانُوا يَكْفُرُونَ ﴿٧١﴾
قُلْ أَنَدْعُوا مِنْ دُونِ اللّٰهِ مَا لَا يَنْفَعُنَا وَلَا يَضُرُّنَا
وَنُرَدُّ عَلٰٓى أَعْقَابِنَا بَعْدَ إِذْ هَدٰىنَا اللّٰهُ كَالَّذِي
اسْتَهْوَتْهُ الشَّيٰطِينُ فِي الْأَرْضِ حَيْرَانَ لَهُ أَصْحٰبٌ
يَدْعُونَهُ إِلَى الْهُدَى ائْتِنَا قُلْ إِنَّ هُدَى اللّٰهِ
هُوَ الْهُدٰى وَأُمِرْنَا لِنُسْلِمَ لِرَبِّ الْعٰلَمِينَ ﴿٧٢﴾
وَأَنْ أَقِيمُوا الصَّلٰوةَ وَاتَّقُوهُ وَهُوَ الَّذِي إِلَيْهِ
تُحْشَرُونَ ﴿٧٣﴾
وَهُوَ الَّذِي خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضَ بِالْحَقِّ وَيَوْمَ
يَقُولُ كُنْ فَيَكُونُ قَوْلُهُ الْحَقُّ وَلَهُ الْمُلْكُ يَوْمَ
يُنْفَخُ فِي الصُّورِ عٰلِمُ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ وَهُوَ
الْحَكِيمُ الْخَبِيرُ ﴿٧٤﴾
وَإِذْ قَالَ إِبْرٰهِيمُ لِأَبِيهِ آزَرَ أَتَتَّخِذُ أَصْنَامًا آلِهَةً
إِنِّي أَرٰىكَ وَقَوْمَكَ فِي ضَلٰلٍ مُبِينٍ ﴿٧٥﴾
وَكَذٰلِكَ نُرِي إِبْرٰهِيمَ مَلَكُوتَ السَّمٰوٰتِ
وَالْأَرْضِ وَلِيَكُونَ مِنَ الْمُوقِنِينَ ﴿٧٦﴾
فَلَمَّا جَنَّ عَلَيْهِ اللَّيْلُ رَأٰى كَوْكَبًا قَالَ هٰذَا رَبِّي

* t.e.: la lasta Juĝo.

77. Kiam la nokto malsupreniris sur lin, li vidis stelon. Li diris: "Jen mia Sinjoro! ", sed, kiam ĝi subiris, li diris: "Mi ne amas la aĵojn subirantajn".

78. Kiam li vidis la lunon suprenirantan kaj brilantan, li diris: "Jen mia Sinjoro! ", sed, kiam ĝi subiris, li diris: "Se mia Sinjoro ne gvidas min, mi certe fariĝos ano de la popolo eraranta".

79. Kiam li vidis la sunon suprenirantan kaj brilegantan, li diris: "Jen mia Sinjoro, tiu estas la plej granda", sed, kiam ĝi subiris, li diris: "Ho mia popolo! Ni vere liberiĝis de tiuj, kiujn vi aldonas al Dio kiel rivalojn.

80. Vere mi turnis mian vizaĝon submetiĝante al Tiu, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron, kaj mi ne estas idolano".

81. Lia popolo disputis kun li. Li diris: "Ĉu vi disputas kun mi pri Allah? Tamen Li vere gvidis min. Mi ne timas, ke vi aldonos rivalojn al Li, krom se Li volas tion. Mia Sinjoro ampleksas per Sia scio ĉiujn aferojn. Ĉu vi ne volas memori?

82. Kial mi devus timi, ĉar vi aldonas rivalojn al Li, se vi mem ne timas aldoni rivalojn al Allah, por kiuj Li neniam donis al vi iun rajton? Kiu do el la du partioj havas pli grandan rajton ricevi la sekurecon, se vi scias? ".

83. La kredantoj, kiuj ne miksas sian kredon kun maljusteco: por ili estos la sekureco kaj la gvidado.

84. Tiu estas la argumento, kiun Ni donis al Abraham kontraŭ lia popolo: "Ni pli-altigas je rango, kiun Ni volas. Vere via Sinjoro estas la Saĝa, la Ĉioscia".

فَلَمَّا أَفَلَ قَالَ لَا أُحِبُّ الْآفِلِينَ ﴿٧٦﴾
فَلَمَّا رَأَى الْقَمَرَ بَازِغًا قَالَ هَٰذَا رَبِّي فَلَمَّا أَفَلَ
قَالَ لَئِنْ لَمْ يَهْدِنِي رَبِّي لَأَكُونَنَّ مِنَ الْقَوْمِ
الضَّالِّينَ ﴿٧٧﴾
فَلَمَّا رَأَى الشَّمْسَ بَازِغَةً قَالَ هَٰذَا رَبِّي هَٰذَا أَكْبَرُ
فَلَمَّا أَفَلَتْ قَالَ يَا قَوْمِ إِنِّي بَرِيءٌ مِمَّا تُشْرِكُونَ ﴿٧٨﴾
إِنِّي وَجَّهْتُ وَجْهِيَ لِلَّذِي فَطَرَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ
حَنِيفًا وَمَا أَنَا مِنَ الْمُشْرِكِينَ ﴿٧٩﴾
وَحَاجَّهُ قَوْمُهُ قَالَ أَتُحَاجُّونِّي فِي اللَّهِ وَقَدْ
هَدَانِ وَلَا أَخَافُ مَا تُشْرِكُونَ بِهِ إِلَّا أَنْ يَشَاءَ
رَبِّي شَيْئًا وَسِعَ رَبِّي كُلَّ شَيْءٍ عِلْمًا أَفَلَا تَتَذَكَّرُونَ ﴿٨٠﴾
وَكَيْفَ أَخَافُ مَا أَشْرَكْتُمْ وَلَا تَخَافُونَ أَنَّكُمْ
أَشْرَكْتُمْ بِاللَّهِ مَا لَمْ يُنَزِّلْ بِهِ عَلَيْكُمْ سُلْطَانًا
فَأَيُّ الْفَرِيقَيْنِ أَحَقُّ بِالْأَمْنِ إِنْ كُنْتُمْ تَعْلَمُونَ ﴿٨١﴾
الَّذِينَ آمَنُوا وَلَمْ يَلْبِسُوا إِيمَانَهُمْ بِظُلْمٍ أُولَٰئِكَ
لَهُمُ الْأَمْنُ وَهُمْ مُهْتَدُونَ ﴿٨٢﴾
وَتِلْكَ حُجَّتُنَا آتَيْنَاهَا إِبْرَاهِيمَ عَلَىٰ قَوْمِهِ نَرْفَعُ
دَرَجَاتٍ مَنْ نَشَاءُ إِنَّ رَبَّكَ حَكِيمٌ عَلِيمٌ ﴿٨٣﴾
وَوَهَبْنَا لَهُ إِسْحَاقَ وَيَعْقُوبَ كُلًّا هَدَيْنَا وَنُوحًا
هَدَيْنَا مِنْ قَبْلُ وَمِنْ ذُرِّيَّتِهِ دَاوُودَ وَسُلَيْمَانَ
وَأَيُّوبَ وَيُوسُفَ وَمُوسَىٰ وَهَارُونَ وَكَذَٰلِكَ
نَجْزِي الْمُحْسِنِينَ ﴿٨٤﴾

85. Ni donis al li Isaakon kaj Jakobon, ĉiun el ili Ni gvidis; kaj Noan Ni gvidis antaŭe kaj ankaŭ lian idaron, Davidon kaj Salomonon kaj Ijobon kaj Jozefon kaj Moseon kaj Aaronon. Tiel ni rekompencas la bonfarantojn.

86. Ni gvidis Zeĥarjan kaj Johanon kaj Jesuon kaj Elijan; ĉiu el ili estis justulo.

87. Ni gvidis Iŝmaelon kaj Jesajan kaj Jonan kaj Loton; ilin ĉiujn Ni levis super la gentojn.

88. Kaj Ni levis iliajn prapatrojn kaj ilian idaron kaj iliajn fratojn, kaj Ni elektis ilin, kaj Ni gvidis ilin al la rekta vojo.

89. Tiu estas la gvidado de Allah. Per ĝi Li gvidas, kiun Li volas el Siaj servantoj. Se ili estus aldonintaj rivalojn al Li, nenio estus utilinta al ili el tio, kion ili faris.

90. Estas ili tiuj, al kiuj Ni donis la Libron kaj la suverenecon kaj la profetadon. Se ili tamen rifuzas tion, ne gravas, ĉar vere Ni konfidis ĝin nur al popolo, kiu ne estas miskredanta.

91. Estas ili tiuj, kiujn Allah gvidis, do sekvu ilian gvidadon. Diru: "Mi ne postulos de vi rekompencon por ĝi. Tio nur estas memorigaĵo por la tuta homaro".

92. Ili malĝuste taksas Allahon, kiam ili diras: "Allah nenion revelaciis al iu ajn". Diru: "Kiu revelaciis la Libron, kun kiu Moseo venis, lumon kaj gvidadon por la homaro, kvankam vi agas pri ĝi, kvazaŭ ĝi estus paperĉifonoj, kiujn vi montras, dum vi kaŝas multe da ĝi? Kaj al vi estis instruita io, kion nek vi nek viaj prapatroj sciis". Diru: "Allah! ". Poste lasu ilin, por ke ili amuziĝu babilante.

وَزَكَرِيَّا وَيَحْيَىٰ وَعِيسَىٰ وَإِلْيَاسَ ۖ كُلٌّ مِّنَ
الصَّالِحِينَ ﴿٨٦﴾
وَإِسْمَاعِيلَ وَالْيَسَعَ وَيُونُسَ وَلُوطًا ۚ وَكُلًّا
فَضَّلْنَا عَلَى الْعَالَمِينَ ﴿٨٧﴾
وَمِنْ آبَائِهِمْ وَذُرِّيَّاتِهِمْ وَإِخْوَانِهِمْ ۖ وَاجْتَبَيْنَاهُمْ
وَهَدَيْنَاهُمْ إِلَىٰ صِرَاطٍ مُّسْتَقِيمٍ ﴿٨٨﴾
ذَٰلِكَ هُدَى اللَّهِ يَهْدِي بِهِ مَن يَشَاءُ مِنْ عِبَادِهِ ۚ
وَلَوْ أَشْرَكُوا لَحَبِطَ عَنْهُم مَّا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٨٩﴾
أُولَٰئِكَ الَّذِينَ آتَيْنَاهُمُ الْكِتَابَ وَالْحُكْمَ وَالنُّبُوَّةَ ۚ
فَإِن يَكْفُرْ بِهَا هَٰؤُلَاءِ فَقَدْ وَكَّلْنَا بِهَا قَوْمًا لَّيْسُوا
بِهَا بِكَافِرِينَ ﴿٩٠﴾
أُولَٰئِكَ الَّذِينَ هَدَى اللَّهُ ۖ فَبِهُدَاهُمُ اقْتَدِهْ ۗ قُل لَّا
أَسْأَلُكُمْ عَلَيْهِ أَجْرًا ۖ إِنْ هُوَ إِلَّا ذِكْرَىٰ لِلْعَالَمِينَ ﴿٩١﴾ ع
وَمَا قَدَرُوا اللَّهَ حَقَّ قَدْرِهِ إِذْ قَالُوا مَا أَنزَلَ اللَّهُ
عَلَىٰ بَشَرٍ مِّن شَيْءٍ ۗ قُلْ مَنْ أَنزَلَ الْكِتَابَ الَّذِي جَاءَ
بِهِ مُوسَىٰ نُورًا وَهُدًى لِّلنَّاسِ ۖ تَجْعَلُونَهُ قَرَاطِيسَ
تُبْدُونَهَا وَتُخْفُونَ كَثِيرًا ۖ وَعُلِّمْتُم مَّا لَمْ تَعْلَمُوا
أَنتُمْ وَلَا آبَاؤُكُمْ ۖ قُلِ اللَّهُ ۖ ثُمَّ ذَرْهُمْ فِي خَوْضِهِمْ
يَلْعَبُونَ ﴿٩٢﴾
وَهَٰذَا كِتَابٌ أَنزَلْنَاهُ مُبَارَكٌ مُّصَدِّقُ الَّذِي بَيْنَ
يَدَيْهِ وَلِتُنذِرَ أُمَّ الْقُرَىٰ وَمَنْ حَوْلَهَا ۚ وَالَّذِينَ
يُؤْمِنُونَ بِالْآخِرَةِ يُؤْمِنُونَ بِهِ ۖ وَهُمْ عَلَىٰ صَلَاتِهِمْ

93. Tiu ĉi estas Libro, kiun Ni revelaciis, benplena, plenumiĝo de tio, kio estis antaŭe kaj helpilo por admoni la Patrinon de la urboj* kaj de ĉiuj ĉirkaŭe. Kiuj kredas al la vivo venonta, tiuj kredas je ĝi, kaj ili akurate plenumas la preĝon.

94. Kiu estas pli maljusta ol tiu, kiu elpensas mensogon kontraŭ Allah, aŭ diras: "Ĝi estis revelaciita al mi kaj nenio estis revelaciita al li", kaj kiu diras: "Mi sendos ion similan al tio, kion Allah sendis"? Kaj se vi nur povus vidi, kiam la malbonfarantoj estas en la agonio de la morto, kaj la anĝeloj etendas siajn manojn, dirante: "Liveru viajn animojn! ". En tiu tago estos donita al vi la puno de la malfeliĉo pro tio, kion vi malvere diris kontraŭ Allah, kaj ĉar vi malŝate turnis vin for de Liaj signoj.

95. Kaj nun venu al Ni unuope, kiel Ni vin kreis unuafoje, kaj vi postlasis, kion Ni donis kaj konsentis al vi, kaj Ni ne vidas apud vi kiel propetantojn tiujn, pri kiuj vi asertis, ke ili estas rivaloj de Dio je viaj aferoj. Nun vi estas detranĉitaj unu de la alia, kaj vin forlasis tio, kion vi elpensis.

96. Vere estas Allah Tiu, kiu ĝermigas la grajnon kaj la daktilkernojn. Li estigas vivantojn el mortintoj kaj mortintojn el vivantoj. Tiu estas Allah! De kio vi do turnas vin for? .

97. Li estigas la tagiĝon; Li kreis la nokton por ripozi kaj la sunon kaj la lunon por mezuri la tempon. Tiu estas la dekreto de la Ĉiopova, la Ĉioscia.

98. Estas Li Tiu, kiu kreis por vi la stelojn, por ke vi havu gvidilon en la mallumo sur la tero kaj sur la maro. Vere Ni detale klarigis la signojn por la popolo scianta.

* Mekko

يحافظون ﴿٩٢﴾
ومن أظلم ممن افترى على الله كذبا أو قال أوحي
إلي ولم يوح إليه شيء ومن قال سأنزل مثل
ما أنزل الله ولو ترى إذ الظالمون في غمرات الموت
والملائكة باسطوا أيديهم أخرجوا أنفسكم اليوم
تجزون عذاب الهون بما كنتم تقولون على
الله غير الحق وكنتم عن آياته تستكبرون ﴿٩٣﴾
ولقد جئتمونا فرادى كما خلقناكم أول مرة
وتركتم ما خولناكم وراء ظهوركم وما نرى معكم
شفعاءكم الذين زعمتم أنهم فيكم شركاء
ع لقد تقطع بينكم وضل عنكم ما كنتم تزعمون ﴿٩٤﴾
إن الله فالق الحب والنوى يخرج الحي من
الميت ومخرج الميت من الحي ذلكم الله فأنى
تؤفكون ﴿٩٥﴾
فالق الإصباح وجعل الليل سكنا والشمس والقمر
حسبانا ذلك تقدير العزيز العليم ﴿٩٦﴾
وهو الذي جعل لكم النجوم لتهتدوا بها في
ظلمات البر والبحر قد فصلنا الآيات لقوم
يعلمون ﴿٩٧﴾
وهو الذي أنشأكم من نفس واحدة فمستقر
ومستودع قد فصلنا الآيات لقوم يفقهون ﴿٩٨﴾
وهو الذي أنزل من السماء ماء فأخرجنا به

99. Estas Li Tiu, kiu estigis vin el unu persono kaj kaŭzis, ke ekzistu por vi hejmo kaj loĝejo. Vere Ni detale klarigis la signojn por la popolo komprenanta.

100. Estas Li Tiu, kiu sendas akvon el la ĉielo. Ni estigas per ĝi ĉiuspecajn kreskaĵojn, kaj Ni estigas kun ili verdan foliaron, el kiu Ni estigas grenon. Kaj el la daktilpalmo – sub ĝiaj branĉoj – kreskas daktilspikoj. Kaj Ni estigas ĝardenojn de vinberarboj, kaj olivarbojn kaj granatarbojn – similajn kaj malsimilajn. Rigardu la fruktojn, kiel ili fruktas, kaj kiel ili maturiĝas. Vere en tio estas signoj por la popolo kredanta.

101. Ili igas la Ĝinnojn* rivaloj de Allah, kvankam Li kreis ilin; kaj ili atribuas al Li filojn kaj filinojn kontraŭ la vera scio. Li estas sankta kaj eminenta super tio, kion ili atribuas al Li!

102. La Kreinto de la ĉieloj kaj de la tero! Kiel Li povas havi idon, ne havinte edzinon? Li ja kreis ĉiujn aĵojn kaj Li ĉion scias!

103. Tiu estas Allah, via Sinjoro. Ne ekzistas alia Dio ol Li, la Kreinto de ĉiuj aĵoj. Adoru Lin. Li estas la Gardanto de ĉiuj aferoj.

104. La okuloj ne atingas Lin, sed Li atingas la okulojn. Li estas la Nekonebla, la Ciokonanta.

105. Pruvoj vere venis de via Sinjoro, do, se iu vidas, tio estas por lia bono; se iu fariĝas blinda, tio estas kontraŭ li; mi ne estas via gardanto.

106. Tiel Ni variigas la signojn, sed ili diras: "Vi bone lernis", kaj Ni klarigas ĝin por la popolo scianta.

نبات كل شيء فأخرجنا منه خضرا نخرج منه
حبا متراكبا ۚ ومن النخل من طلعها قنوان دانية
وجنت من أعناب والزيتون والرمان مشتبها
وغير متشابه ۗ انظروا إلى ثمره إذا أثمر وينعه ۚ
إن في ذلكم لأيت لقوم يؤمنون ﴿١٠٠﴾
وجعلوا لله شركاء الجن وخلقهم وخرقوا له
بنين وبنت بغير علم ۚ سبحنه وتعلى عما
ع ١٣ ١٨ يصفون ﴿١٠١﴾
بديع السموت والأرض ۖ أنى يكون له ولد و
لم تكن له صاحبة ۖ وخلق كل شيء ۖ وهو بكل
شيء عليم ﴿١٠٢﴾
ذلكم الله ربكم ۖ لا إله إلا هو ۖ خلق كل شيء
فاعبدوه ۚ وهو على كل شيء وكيل ﴿١٠٣﴾
لا تدركه الأبصر وهو يدرك الأبصر ۖ وهو
اللطيف الخبير ﴿١٠٤﴾
قد جاءكم بصائر من ربكم ۖ فمن أبصر فلنفسه ۖ
ومن عمي فعليها ۚ وما أنا عليكم بحفيظ ﴿١٠٥﴾
وكذلك نصرف الأيت وليقولوا درست ولنبينه
لقوم يعلمون ﴿١٠٦﴾
اتبع ما أوحي إليك من ربك ۖ لا إله إلا هو ۖ و
أعرض عن المشركين ﴿١٠٧﴾
ولو شاء الله ما أشركوا ۗ وما جعلنك عليهم

* v. detalan klarigon en ĉapitro 34a "Sabā", verso 13a

107. Sekvu tion, kio estis revelaciita al vi de via Sinjoro. Ne ekzistas alia Dio ol Li. Turnu vin for de la idolanoj.

108. Kaj se Allah volus, ili ne estus aldonintaj rivalojn al Li. Kaj Ni ne faris vin gardanto super ili, kaj vi ne estas super ili gardanto.

109. Ne insultu tiujn, kiujn ili alvokis aldone al Allah, por ke ili ne insultu Allahon venĝe en sia nescio. Tiel Ni igis iliajn agojn ŝajni bonaj. Poste al ilia Sinjoro fariĝos la reveno, kaj Ni sciigos ilin pri tio, kion ili faris.

110. Ili ĵuras per Allah siajn plej gravajn ĵurojn, ke, se venus al ili signo, ili kredus je ĝi. Diru: "Certe, estas signoj ĉe Allah, sed kio komprenigas vin, ke – kiam la signoj venas – tamen ili ne kredas? ".

111. Ni konfuzos iliajn animojn kaj iliajn okulojn, ĉar ili ne kredis je ĝi unuafoje, kaj Ni lasos ilin vagadi en sia peko kiel blindulojn.

* Fino de la 7-a parto

112. Eĉ se Ni sendus al ili anĝelojn kaj igus la mortintojn paroli al ili kaj kunvenigus ĉiujn aĵojn al ili vidalvide, ili ne kredus, krom se Allah volus. Tamen ili kondutas malprudente.

113. Tiel Ni estigis kontraŭ ĉiu profeto malamikon, Satanon de la homoj kaj de la Ĝinnoj. Ili sugestas unu al alia falsajn parolojn por trompi. Se via Sinjoro estus volinta, ili ne estus farintaj tion; do lasu ilin ĉe iliaj elpensaĵoj,

114. por ke la koroj de tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta, turnu sin al ĝi, kaj por ke al ili plaĉu tio, kaj por ke ili plue meritu, kion ili meritas.

حَفِيظًا ۚ وَمَآ أَنتَ عَلَيْهِم بِوَكِيلٍ ﴿١٠٨﴾
وَلَا تَسُبُّوا الَّذِينَ يَدْعُونَ مِن دُونِ اللَّهِ فَيَسُبُّوا
اللَّهَ عَدْوًا بِغَيْرِ عِلْمٍ ۗ كَذَٰلِكَ زَيَّنَّا لِكُلِّ أُمَّةٍ
عَمَلَهُمْ ثُمَّ إِلَىٰ رَبِّهِم مَّرْجِعُهُمْ فَيُنَبِّئُهُم بِمَا
كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١٠٩﴾
وَأَقْسَمُوا بِاللَّهِ جَهْدَ أَيْمَانِهِمْ لَئِن جَاءَتْهُمْ آيَةٌ
لَّيُؤْمِنُنَّ بِهَا ۚ قُلْ إِنَّمَا الْآيَاتُ عِندَ اللَّهِ ۖ وَمَا يُشْعِرُكُمْ
أَنَّهَا إِذَا جَاءَتْ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿١١٠﴾
وَنُقَلِّبُ أَفْئِدَتَهُمْ وَأَبْصَارَهُمْ كَمَا لَمْ يُؤْمِنُوا بِهِ أَوَّلَ
مَرَّةٍ وَنَذَرُهُمْ فِي طُغْيَانِهِمْ يَعْمَهُونَ ﴿١١١﴾
وَلَوْ أَنَّنَا نَزَّلْنَا إِلَيْهِمُ الْمَلَائِكَةَ وَكَلَّمَهُمُ الْمَوْتَىٰ
وَحَشَرْنَا عَلَيْهِمْ كُلَّ شَيْءٍ قُبُلًا مَّا كَانُوا لِيُؤْمِنُوا إِلَّا
أَن يَشَاءَ اللَّهُ وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَهُمْ يَجْهَلُونَ ﴿١١٢﴾
وَكَذَٰلِكَ جَعَلْنَا لِكُلِّ نَبِيٍّ عَدُوًّا شَيَاطِينَ الْإِنسِ وَ
الْجِنِّ يُوحِي بَعْضُهُمْ إِلَىٰ بَعْضٍ زُخْرُفَ الْقَوْلِ غُرُورًا ۚ
وَلَوْ شَاءَ رَبُّكَ مَا فَعَلُوهُ ۖ فَذَرْهُمْ وَمَا يَفْتَرُونَ ﴿١١٣﴾
وَلِتَصْغَىٰ إِلَيْهِ أَفْئِدَةُ الَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ بِالْآخِرَةِ وَ
لِيَرْضَوْهُ وَلِيَقْتَرِفُوا مَا هُم مُّقْتَرِفُونَ ﴿١١٤﴾
أَفَغَيْرَ اللَّهِ أَبْتَغِي حَكَمًا وَهُوَ الَّذِي أَنزَلَ إِلَيْكُمُ
الْكِتَابَ مُفَصَّلًا ۚ وَالَّذِينَ آتَيْنَاهُمُ الْكِتَابَ يَعْلَمُونَ
أَنَّهُ مُنَزَّلٌ مِّن رَّبِّكَ بِالْحَقِّ ۖ فَلَا تَكُونَنَّ مِنَ الْمُمْتَرِينَ ﴿١١٥﴾
وَتَمَّتْ كَلِمَتُ رَبِّكَ صِدْقًا وَعَدْلًا ۚ لَّا مُبَدِّلَ لِ

115. Ĉu mi serĉus kiel juĝanton iun alian ol Allahon? Li ja sendis al vi la Libron klarigitan! Kaj tiuj, al kiuj Ni donis la Libron, scias, ke ĝi estis sendita de via Sinjoro kun la vero. Do ne estu dubanto.

116. La vorto de via Sinjoro plenumiĝis en vereco kaj justeco. Lian vorton neniu kapablos ŝanĝi. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

117. Se vi sekvos la plej multajn el tiuj, kiuj estas sur la tero, ili deklinos vin de la vojo de Allah. Ili sekvas nur tion, kion ili divenas, kaj ili nur mensogas.

118. Vere via Sinjoro bone konas tiujn, kiuj deflankiĝas de Lia vojo, kaj Li konas la gvidatojn.

119. Manĝu do tion, super kio estis alvokita la nomo de Allah, se vi estas kredantoj je Liaj signoj.

120. Kial vi ne manĝus tion, super kio estis alvokita la nomo de Allah? Vere Li klarigis al vi, kion Li malpermesis al vi - krom se vi estas devigitaj – kaj certe multaj deturnas aliajn per siaj malbonaj deziroj kontraŭ la vera scio. Vere, via Sinjoro bone konas la ekscesantojn.

121. Evitu la malkaŝitajn kaj la kaŝitajn pekojn. Vere tiuj, kiuj gajnas pekojn, estos punitaj pro tio, kion ili estos gajnintaj.

122. Ne manĝu tion, super kio ne estis alvokita la nomo de Allah: tio vere estas malobeo. Vere la Satanoj instigas siajn amikojn, por ke ili disputu kun vi. Se vi obeos ilin, vi aldonos rivalojn al Dio.

123. Ĉu povas tiu, kiu mortis, kaj estis poste revivigita de Ni, kaj al kiu Ni donis lumon por iri inter la homoj, esti egala al

لِكَلِمَٰتِهِۦۚ وَهُوَ ٱلسَّمِيعُ ٱلْعَلِيمُ ١١٥
وَإِن تُطِعْ أَكْثَرَ مَن فِى ٱلْأَرْضِ يُضِلُّوكَ عَن
سَبِيلِ ٱللَّهِۚ إِن يَتَّبِعُونَ إِلَّا ٱلظَّنَّ وَإِنْ هُمْ
إِلَّا يَخْرُصُونَ ١١٦
إِنَّ رَبَّكَ هُوَ أَعْلَمُ مَن يَضِلُّ عَن سَبِيلِهِۦۖ وَهُوَ
أَعْلَمُ بِٱلْمُهْتَدِينَ ١١٧
فَكُلُوا۟ مِمَّا ذُكِرَ ٱسْمُ ٱللَّهِ عَلَيْهِ إِن كُنتُم بِـَٔايَٰتِهِۦ
مُؤْمِنِينَ ١١٨
وَمَا لَكُمْ أَلَّا تَأْكُلُوا۟ مِمَّا ذُكِرَ ٱسْمُ ٱللَّهِ عَلَيْهِ وَ
قَدْ فَصَّلَ لَكُم مَّا حَرَّمَ عَلَيْكُمْ إِلَّا مَا ٱضْطُرِرْتُمْ
إِلَيْهِۗ وَإِنَّ كَثِيرًا لَّيُضِلُّونَ بِأَهْوَآئِهِم بِغَيْرِ عِلْمٍۗ
إِنَّ رَبَّكَ هُوَ أَعْلَمُ بِٱلْمُعْتَدِينَ ١١٩
وَذَرُوا۟ ظَٰهِرَ ٱلْإِثْمِ وَبَاطِنَهُۥٓۚ إِنَّ ٱلَّذِينَ يَكْسِبُونَ
ٱلْإِثْمَ سَيُجْزَوْنَ بِمَا كَانُوا۟ يَقْتَرِفُونَ ١٢٠
وَلَا تَأْكُلُوا۟ مِمَّا لَمْ يُذْكَرِ ٱسْمُ ٱللَّهِ عَلَيْهِ وَإِنَّهُۥ
لَفِسْقٌۗ وَإِنَّ ٱلشَّيَٰطِينَ لَيُوحُونَ إِلَىٰٓ أَوْلِيَآئِهِمْ
لِيُجَٰدِلُوكُمْۖ وَإِنْ أَطَعْتُمُوهُمْ إِنَّكُمْ لَمُشْرِكُونَ ١٢١ ع
أَوَمَن كَانَ مَيْتًا فَأَحْيَيْنَٰهُ وَجَعَلْنَا لَهُۥ نُورًا
يَمْشِى بِهِۦ فِى ٱلنَّاسِ كَمَن مَّثَلُهُۥ فِى ٱلظُّلُمَٰتِ لَيْسَ
بِخَارِجٍ مِّنْهَاۚ كَذَٰلِكَ زُيِّنَ لِلْكَٰفِرِينَ مَا كَانُوا۟
يَعْمَلُونَ ١٢٢
وَكَذَٰلِكَ جَعَلْنَا فِى كُلِّ قَرْيَةٍ أَكَٰبِرَ مُجْرِمِيهَا لِيَمْكُرُوا۟

tiu, kies kondiĉo estas, ke li troviĝas en mallumo, el kiu li ne povas eliri? Tiel estis farite por la miskredantoj, ke ŝajnu bonaj iliaj agoj.

124. Tiel Ni ankaŭ igis, en ĉiuj urboj, la plej grandajn el ties pekuloj intrigi; ili tamen intrigas nur kontraŭ si mem, sed ili ne komprenas tion.

125. Kiam venas al ili signo, ili diras: "Ni neniam kredos, ĝis estos donita al ni la samo kiel al la senditoj de Allah". Allah bone scias, kiel Li donas Siajn senditaĵojn. Humiliĝo estos por tiuj, kiuj intrigas antaŭ Allah, kaj severa turmento pro ilia intrigado.

126. Tiel Allah gvidas, kiun Li volas; Li pli-larĝigas lian bruston por la Islamo kaj Li devojigas, kiun Li volas, mallarĝigante kaj fermante lian bruston, kvazaŭ li suprenirus en la ĉielon. Tiel Allah punas la miskredantojn.

127. Tiu estas la vojo de via Sinjoro, la rekta. Vere Ni klarigis la signojn al la popolo admonita.

128. Por ili estas la Domo de la paco de ilia Sinjoro, kaj Li estas ilia protektanto pro tio, kion ili faris.

129. En la tago, en kiu Li kunvenigos ĉiujn, Li diros: "Ho vi, aro de Ĝinnoj! Vi vere klopodis akiri multajn homojn! ". Kaj iliaj amikoj inter la homoj diros: "Ho nia Sinjoro! Ni profitis unu de la alia kaj nun ni atingis la limtempon, kiun Vi difinis por ni". Li diros: "La fajro estu via loĝejo. Tie vi ĉiam restos, krom se Allah alie volos". Vere via Sinjoro estas la Saĝa, la Ĉioscia.

130. Tiel Ni metis iujn el la malbonfarantoj super la aliajn pro tio, kion ili meritis.

فِيهَا ۖ وَمَا يَمْكُرُونَ إِلَّا بِأَنفُسِهِمْ وَمَا يَشْعُرُونَ ﴿١٢٤﴾
وَإِذَا جَاءَتْهُمْ آيَةٌ قَالُوا لَن نُّؤْمِنَ حَتَّىٰ نُؤْتَىٰ
مِثْلَ مَا أُوتِيَ رُسُلُ اللَّهِ ۘ اللَّهُ أَعْلَمُ حَيْثُ يَجْعَلُ
رِسَالَتَهُ ۗ سَيُصِيبُ الَّذِينَ أَجْرَمُوا صَغَارٌ عِندَ
اللَّهِ وَعَذَابٌ شَدِيدٌ بِمَا كَانُوا يَمْكُرُونَ ﴿١٢٥﴾
فَمَن يُرِدِ اللَّهُ أَن يَهْدِيَهُ يَشْرَحْ صَدْرَهُ لِلْإِسْلَامِ ۖ
وَمَن يُرِدْ أَن يُضِلَّهُ يَجْعَلْ صَدْرَهُ ضَيِّقًا حَرَجًا
كَأَنَّمَا يَصَّعَّدُ فِي السَّمَاءِ ۚ كَذَٰلِكَ يَجْعَلُ اللَّهُ الرِّجْسَ
عَلَى الَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿١٢٦﴾
وَهَٰذَا صِرَاطُ رَبِّكَ مُسْتَقِيمًا ۗ قَدْ فَصَّلْنَا الْآيَاتِ
لِقَوْمٍ يَذَّكَّرُونَ ﴿١٢٧﴾
لَهُمْ دَارُ السَّلَامِ عِندَ رَبِّهِمْ ۖ وَهُوَ وَلِيُّهُم بِمَا
كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١٢٨﴾
وَيَوْمَ يَحْشُرُهُمْ جَمِيعًا يَا مَعْشَرَ الْجِنِّ قَدِ
اسْتَكْثَرْتُم مِّنَ الْإِنسِ ۖ وَقَالَ أَوْلِيَاؤُهُم مِّنَ
الْإِنسِ رَبَّنَا اسْتَمْتَعَ بَعْضُنَا بِبَعْضٍ وَبَلَغْنَا
أَجَلَنَا الَّذِي أَجَّلْتَ لَنَا ۚ قَالَ النَّارُ مَثْوَاكُمْ
خَالِدِينَ فِيهَا إِلَّا مَا شَاءَ اللَّهُ ۗ إِنَّ رَبَّكَ حَكِيمٌ
عَلِيمٌ ﴿١٢٩﴾
وَكَذَٰلِكَ نُوَلِّي بَعْضَ الظَّالِمِينَ بَعْضًا بِمَا كَانُوا
يَكْسِبُونَ ﴿١٣٠﴾
يَا مَعْشَرَ الْجِنِّ وَالْإِنسِ أَلَمْ يَأْتِكُمْ رُسُلٌ مِّنكُمْ

131. "Ho vi aro de Ĝinnoj kaj de Homoj! Ĉu ne venis al vi senditoj el via mezo, kiuj anoncis al vi Miajn signojn kaj admonis vin pri la renkonto de ĉi tiu tago? ". Ili diros: "Ni atestas kontraŭ ni mem". Kaj la vivo de ĉi tiu mondo trompis ilin. Kaj ili atestos kontraŭ si mem, ĉar ili estis miskredantoj.

132. Tio estas, ĉar via Sinjoro ne volis detrui maljuste la urbojn, dum iliaj loĝantoj ankoraŭ ne estis admonitaj.

133. Por ĉiuj rangoj estos laŭ tio, kion ili faris. Via Sinjoro ne malzorgas pri tio, kion ili faris.

134. Via Sinjoro estas memsufiĉa, plena je graco. Li povus neniigi vin, se Li volus, kaj estigi post vi, kion Li volus, kiel Li estigis vin el idaro de alia popolo.

135. Certe, tio, kio estis promesita al vi, okazos, kaj vi ne povas malhelpi ĝin.

136. Diru: "Agu, kiel eble plej bone vi povas. Mi vere same agas. Baldaŭ vi scios, al kiu apartenos la rekompenco de la Restadejo". Certe la malbonfarantoj ne prosperos.

137. Ili asignis al Allah iom el tio, kion Li estigas el la kamparo kaj el la gregoj, kaj ili diris: "Tio estas por Allah" – tiel ili imagas – kaj: "Tio estas por niaj idoloj". Tamen tio, kio estas por la idoloj, ne atingas Allahon, sed tio, kio estas por Allah, atingas la idolojn. Malbone estas, kiel ili juĝas!

138. Tiel la idoloj igis la mortigon de la idoj ŝajni bela al la idolanoj, por ruinigi ilin kaj por konfuzi ilin pri la religio. Se Allah volus, ili ne farus tion; do lasu ilin ĉe iliaj elpensaĵoj.

يَقُصُّونَ عَلَيْكُمْ آيَاتِي وَيُنذِرُونَكُمْ لِقَاءَ يَوْمِكُمْ
هَٰذَا ۚ قَالُوا شَهِدْنَا عَلَىٰ أَنفُسِنَا ۖ وَغَرَّتْهُمُ الْحَيَاةُ
الدُّنْيَا وَشَهِدُوا عَلَىٰ أَنفُسِهِمْ أَنَّهُمْ كَانُوا كَافِرِينَ ﴿١٣٠﴾
ذَٰلِكَ أَن لَّمْ يَكُن رَّبُّكَ مُهْلِكَ الْقُرَىٰ بِظُلْمٍ وَ
أَهْلُهَا غَافِلُونَ ﴿١٣١﴾
وَلِكُلٍّ دَرَجَاتٌ مِّمَّا عَمِلُوا ۚ وَمَا رَبُّكَ بِغَافِلٍ عَمَّا
يَعْمَلُونَ ﴿١٣٢﴾
وَرَبُّكَ الْغَنِيُّ ذُو الرَّحْمَةِ ۚ إِن يَشَأْ يُذْهِبْكُمْ
وَيَسْتَخْلِفْ مِن بَعْدِكُم مَّا يَشَاءُ كَمَا أَنشَأَكُم
مِّن ذُرِّيَّةِ قَوْمٍ آخَرِينَ ﴿١٣٣﴾
إِنَّ مَا تُوعَدُونَ لَآتٍ ۖ وَمَا أَنتُم بِمُعْجِزِينَ ﴿١٣٤﴾
قُلْ يَا قَوْمِ اعْمَلُوا عَلَىٰ مَكَانَتِكُمْ إِنِّي عَامِلٌ ۖ فَسَوْفَ
تَعْلَمُونَ مَن تَكُونُ لَهُ عَاقِبَةُ الدَّارِ ۗ إِنَّهُ لَا يُفْلِحُ
الظَّالِمُونَ ﴿١٣٥﴾
وَجَعَلُوا لِلَّهِ مِمَّا ذَرَأَ مِنَ الْحَرْثِ وَالْأَنْعَامِ نَصِيبًا
فَقَالُوا هَٰذَا لِلَّهِ بِزَعْمِهِمْ وَهَٰذَا لِشُرَكَائِنَا ۖ فَمَا
كَانَ لِشُرَكَائِهِمْ فَلَا يَصِلُ إِلَى اللَّهِ ۖ وَمَا كَانَ
لِلَّهِ فَهُوَ يَصِلُ إِلَىٰ شُرَكَائِهِمْ ۗ سَاءَ مَا يَحْكُمُونَ ﴿١٣٦﴾
وَكَذَٰلِكَ زَيَّنَ لِكَثِيرٍ مِّنَ الْمُشْرِكِينَ قَتْلَ أَوْلَادِهِمْ
شُرَكَاؤُهُمْ لِيُرْدُوهُمْ وَلِيَلْبِسُوا عَلَيْهِمْ دِينَهُمْ ۖ
وَلَوْ شَاءَ اللَّهُ مَا فَعَلُوهُ ۖ فَذَرْهُمْ وَمَا يَفْتَرُونَ ﴿١٣٧﴾
وَقَالُوا هَٰذِهِ أَنْعَامٌ وَحَرْثٌ حِجْرٌ لَّا يَطْعَمُهَا إِلَّا

139. Ili diras: "Ĉi tiuj rikolto kaj gregoj estas malpermesitaj. Neniu devas manĝi el ili krom tion, kion ni volas" – tiel ili imagas – kaj estas bestaro, kies dorsoj estas malpermesitaj, kaj bestaro, super kiu la nomo de Allah ne estas alvokita, elpensante mensogon kontraŭ Li. Li postulos de ili pravigon pro tio, kion ili elpensis.

140. Ili diras: "Kio estas en la ventroj de ĉi tiuj bestoj, tio estas rezervita por niaj viroj kaj malpermesita al niaj virinoj". Se ĝi tamen naskiĝas mortinta, ili ĉiuj partoprenas. Li punos ilin pro ilia aserto. Li vere estas la Saĝa, la Ĉioscia.

141. Vere estas perdantoj tiuj, kiuj malsaĝe mortigas siajn idojn kontraŭ la vera scio, kaj malpermesas, kion Allah konsentis al ili, elpensante mensogon kontraŭ Allah. Ili vere devojiĝis kaj ne estas gvidataj.

142. Estas Li Tiu, kiu estigas ĝardenojn, murzonitajn kaj nemurzonitajn, kaj daktilpalmojn kaj grenkampojn, kies fruktoj estas diversspecaj, kaj olivarbon kaj granatarbon, similajn kaj malsimilajn. Manĝu el la fruktoj de ĉiu, kiam ĝi fruktas, sed pagu Lian rajton* en la tago de la rikolto kaj ne transpaŝu la limojn. Vere Li ne amas la transpaŝantojn.

143. El la gregoj Li kreis iujn por ŝarĝo kaj aliajn por buĉado. Manĝu el tio, kion Allah donis al vi, kaj ne sekvu la piedsignojn de Satano. Li vere estas via evidenta malamiko.

144. El la gregoj Li kreis ok parojn: du ŝafajn, du kaprajn. Diru: "Ĉu Li malpermesis ambaŭ virajn aŭ virinajn aŭ tion, kio troviĝas en la ventroj de la virinaj? Informu min per via scio, se vi estas sinceraj".

* la parton por la malriĉuloj

مَنْ نَّشَآءُ بِزَعْمِهِمْ وَاَنْعَامٌ حُرِّمَتْ ظُهُوْرُهَا وَاَنْعَامٌ
لَّا يَذْكُرُوْنَ اسْمَ اللّٰهِ عَلَيْهَا افْتِرَآءً عَلَيْهِ سَيَجْزِيْهِمْ
بِمَا كَانُوْا يَفْتَرُوْنَ ﴿١٣٩﴾
وَقَالُوْا مَا فِيْ بُطُوْنِ هٰذِهِ الْاَنْعَامِ خَالِصَةٌ لِّذُكُوْرِنَا
وَمُحَرَّمٌ عَلٰٓى اَزْوَاجِنَا وَاِنْ يَّكُنْ مَّيْتَةً فَهُمْ فِيْهِ
شُرَكَآءُ سَيَجْزِيْهِمْ وَصْفَهُمْ اِنَّهٗ حَكِيْمٌ عَلِيْمٌ ﴿١٤٠﴾
قَدْ خَسِرَ الَّذِيْنَ قَتَلُوْٓا اَوْلَادَهُمْ سَفَهًا بِغَيْرِ عِلْمٍ
وَّحَرَّمُوْا مَا رَزَقَهُمُ اللّٰهُ افْتِرَآءً عَلَى اللّٰهِ قَدْ ضَلُّوْا
وَمَا كَانُوْا مُهْتَدِيْنَ ﴿١٤١﴾ ع
وَهُوَ الَّذِيْٓ اَنْشَاَ جَنّٰتٍ مَّعْرُوْشٰتٍ وَّغَيْرَ مَعْرُوْشٰتٍ
وَّالنَّخْلَ وَالزَّرْعَ مُخْتَلِفًا اُكُلُهٗ وَالزَّيْتُوْنَ وَالرُّمَّانَ
مُتَشَابِهًا وَّغَيْرَ مُتَشَابِهٍ كُلُوْا مِنْ ثَمَرِهٖٓ اِذَآ اَثْمَرَ
وَاٰتُوْا حَقَّهٗ يَوْمَ حَصَادِهٖ وَلَا تُسْرِفُوْا اِنَّهٗ لَا يُحِبُّ
الْمُسْرِفِيْنَ ﴿١٤٢﴾
وَمِنَ الْاَنْعَامِ حَمُوْلَةً وَّفَرْشًا كُلُوْا مِمَّا رَزَقَكُمُ اللّٰهُ
وَلَا تَتَّبِعُوْا خُطُوٰتِ الشَّيْطٰنِ اِنَّهٗ لَكُمْ عَدُوٌّ
مُّبِيْنٌ ﴿١٤٣﴾
ثَمٰنِيَةَ اَزْوَاجٍ مِنَ الضَّاْنِ اثْنَيْنِ وَمِنَ الْمَعْزِ
اثْنَيْنِ قُلْ ءٰٓالذَّكَرَيْنِ حَرَّمَ اَمِ الْاُنْثَيَيْنِ اَمَّا
اشْتَمَلَتْ عَلَيْهِ اَرْحَامُ الْاُنْثَيَيْنِ نَبِّـُٔوْنِيْ بِعِلْمٍ
اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿١٤٤﴾
وَمِنَ الْاِبِلِ اثْنَيْنِ وَمِنَ الْبَقَرِ اثْنَيْنِ قُلْ ءٰٓالذَّكَرَيْنِ

145. Du kamelajn kaj du bovajn. Diru: "Ĉu Li malpermesis ambaŭ virajn aŭ ambaŭ virinajn aŭ tion, kio troviĝas en la ventroj de la virinaj? Ĉu vi ĉeestis, kiam Allah dekretis tion?". Kiu estas pli maljusta ol tiu, kiu peke elpensas mensogon kontraŭ Allah, por devojigi la homojn kontraŭ la vera scio? Vere Allah ne gvidas la popolon malbonfarantan.

146. Diru: "Mi ne trovas en tio, kio estis revelaciita al mi, iun manĝaĵon malpermesitan por manĝanto, krom ĉia mortintaĵo aŭ verŝita sango aŭ karno porka – fakte tio estas malpura – aŭ profanaĵo, super kiu alia nomo estis alvokita ol tiu de Allah. Kiu tamen estas devigata de la neceso – ne pro malobeo kaj ne ekscesante – tiam tiu sciu: via Sinjoro estas la Senkulpigema, la Pardonema.

147. Al la Judoj Ni malpermesis ĉiun beston havantan ungegojn; kaj de la bovoj kaj ŝafoj kaj kaproj Ni malpermesis al ili la grasaĵon – krom tiu, kiu troviĝas en iliaj dorsoj – aŭ la internaĵojn aŭ tion, kio estas miksita kun ostoj. Tiu estis la puno pro ilia ribelemo. Vere Ni estas verama.

148. Se ili kulpigas vin pri mensogo, vi diru: "Via Sinjoro estas plena je kompato ampleksega, tamen Lia kolero ne estos deturnita for de la kulpa popolo.

149. Tiuj, kiuj aldonas rivalojn al Dio, diros: "Se Allah estus volinta, ni ne aldonus rivalojn al Li, nek niaj prapatroj estus farintaj tion, nek ni malpermesus ion ajn". Tiel kulpigis pri mensogo tiuj, kiuj estis antaŭe, ĝis ili gustumis Nian koleron. Diru: "Ĉu vi havas iun ajn scion? Tiam montru ĝin al ni. Vi sekvas nur supozojn kaj vi nur mensogadas".

150. Diru: "De Allah estas la argumento, kiu trafas la celon. Se Li estus volinta, Li estus gvidinta vin ĉiujn".

حَرَّمَ أَمِ الْأُنثَيَيْنِ أَمَّا اشْتَمَلَتْ عَلَيْهِ أَرْحَامُ
الْأُنثَيَيْنِ أَمْ كُنتُمْ شُهَدَاءَ إِذْ وَصَّاكُمُ اللَّهُ بِهَٰذَا
فَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنِ افْتَرَىٰ عَلَى اللَّهِ كَذِبًا لِّيُضِلَّ النَّاسَ
بِغَيْرِ عِلْمٍ إِنَّ اللَّهَ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الظَّالِمِينَ ﴿١٤٤﴾
قُل لَّا أَجِدُ فِي مَا أُوحِيَ إِلَيَّ مُحَرَّمًا عَلَىٰ طَاعِمٍ يَطْعَمُهُ
إِلَّا أَن يَكُونَ مَيْتَةً أَوْ دَمًا مَّسْفُوحًا أَوْ لَحْمَ خِنزِيرٍ
فَإِنَّهُ رِجْسٌ أَوْ فِسْقًا أُهِلَّ لِغَيْرِ اللَّهِ بِهِ ۚ فَمَنِ اضْطُرَّ
غَيْرَ بَاغٍ وَلَا عَادٍ فَإِنَّ رَبَّكَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿١٤٥﴾
وَعَلَى الَّذِينَ هَادُوا حَرَّمْنَا كُلَّ ذِي ظُفُرٍ ۖ وَمِنَ
الْبَقَرِ وَالْغَنَمِ حَرَّمْنَا عَلَيْهِمْ شُحُومَهُمَا إِلَّا مَا
حَمَلَتْ ظُهُورُهُمَا أَوِ الْحَوَايَا أَوْ مَا اخْتَلَطَ بِعَظْمٍ ۚ ذَٰلِكَ
جَزَيْنَاهُم بِبَغْيِهِمْ ۖ وَإِنَّا لَصَادِقُونَ ﴿١٤٦﴾
فَإِن كَذَّبُوكَ فَقُل رَّبُّكُمْ ذُو رَحْمَةٍ وَاسِعَةٍ وَلَا
يُرَدُّ بَأْسُهُ عَنِ الْقَوْمِ الْمُجْرِمِينَ ﴿١٤٧﴾
سَيَقُولُ الَّذِينَ أَشْرَكُوا لَوْ شَاءَ اللَّهُ مَا أَشْرَكْنَا وَ
لَا آبَاؤُنَا وَلَا حَرَّمْنَا مِن شَيْءٍ ۚ كَذَٰلِكَ كَذَّبَ الَّذِينَ
مِن قَبْلِهِمْ حَتَّىٰ ذَاقُوا بَأْسَنَا ۗ قُلْ هَلْ عِندَكُم
مِّنْ عِلْمٍ فَتُخْرِجُوهُ لَنَا ۖ إِن تَتَّبِعُونَ إِلَّا الظَّنَّ وَ
إِنْ أَنتُمْ إِلَّا تَخْرُصُونَ ﴿١٤٨﴾
قُلْ فَلِلَّهِ الْحُجَّةُ الْبَالِغَةُ ۖ فَلَوْ شَاءَ لَهَدَاكُمْ
أَجْمَعِينَ ﴿١٤٩﴾
قُلْ هَلُمَّ شُهَدَاءَكُمُ الَّذِينَ يَشْهَدُونَ أَنَّ اللَّهَ

151. Diru: "Alportu viajn atestantojn, kiuj atestu, ke Allah malpermesis ĉi tion". Se ili atestas, ne atestu vi kun ili, nek sekvu la malbonajn inklinojn de tiuj, kiuj negas Niajn signojn, kaj de tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta kaj aldonas rivalojn al sia Sinjoro.

152. Diru: "Mi rediros al vi, kion via Sinjoro malpermesis al vi; ke vi aldonu ion ajn kiel rivalon al Li, kaj ke vi ne estu afablaj al viaj gepatroj, kaj ke vi mortigu viajn idojn pro timo de mizero. Estas Ni, kiu provizas por vi kaj por ili. Ne alproksimiĝu al malbonaj agoj, malkaŝitaj aŭ kaŝitaj, kaj ne mortigu la vivon, kiun Allah sanktigis, krom laŭrajte*. Tion Li dekretis por vi, por ke vi komprenu.

153. Ne alproksimiĝu al la propraĵoj de orfo, escepte juste, ĝis li atingos plenkreskan aĝon. Donu ĝustan mezuron kaj pezon laŭrajte. Ni nur ŝarĝas ĉiun animon laŭ ĝia kapablo. Kiam vi parolas, estu justaj, eĉ se temas pri parencoj. Plenumu la aliancon kun Allah. Tion Li dekretis por vi, por ke vi memoru".

154. Kaj: "Tiu estas mia vojo, la rekta, do sekvu ĝin, kaj ne sekvu aliajn vojojn, por ke ili ne devojigu vin el Lia vojo. Tion Li dekretis por vi, por ke vi estu sekuraj".

155. Poste Ni donis al Moseo la Skribon plenumante la favoron al li, kiu bonfaris, kaj la klarigon de ĉiuj aferoj kaj la gvidadon kaj la gracon – por ke ili kredu al la renkonto kun sia Sinjoro.

156. Tiu ĉi estas la Libro, kiun Ni sendis, plena de benoj, do sekvu ĝin kaj estu singardemaj por ke estu kompato por vi,

حَرَّمَ هٰذَا ۚ فَإِنْ شَهِدُوا فَلَا تَشْهَدْ مَعَهُمْ ۚ وَلَا
تَتَّبِعْ أَهْوَاءَ الَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيٰتِنَا وَالَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ
ع ١٨ ٥ بِالْآخِرَةِ وَهُمْ بِرَبِّهِمْ يَعْدِلُونَ ﴿١٥٠﴾
قُلْ تَعَالَوْا أَتْلُ مَا حَرَّمَ رَبُّكُمْ عَلَيْكُمْ أَلَّا تُشْرِكُوا
بِهِ شَيْئًا وَبِالْوَالِدَيْنِ إِحْسَانًا ۚ وَلَا تَقْتُلُوا أَوْلَادَكُمْ
مِنْ إِمْلَاقٍ ۖ نَحْنُ نَرْزُقُكُمْ وَإِيَّاهُمْ ۚ وَلَا تَقْرَبُوا
الْفَوَاحِشَ مَا ظَهَرَ مِنْهَا وَمَا بَطَنَ ۚ وَلَا تَقْتُلُوا
النَّفْسَ الَّتِي حَرَّمَ اللّٰهُ إِلَّا بِالْحَقِّ ۖ ذٰلِكُمْ وَصّٰكُمْ
بِهِ لَعَلَّكُمْ تَعْقِلُونَ ﴿١٥١﴾
وَلَا تَقْرَبُوا مَالَ الْيَتِيمِ إِلَّا بِالَّتِي هِيَ أَحْسَنُ حَتّٰى يَبْلُغَ
أَشُدَّهُ ۚ وَأَوْفُوا الْكَيْلَ وَالْمِيزَانَ بِالْقِسْطِ ۚ لَا نُكَلِّفُ
نَفْسًا إِلَّا وُسْعَهَا ۚ وَإِذَا قُلْتُمْ فَاعْدِلُوا وَلَوْ كَانَ ذَا
قُرْبٰى ۚ وَبِعَهْدِ اللّٰهِ أَوْفُوا ۚ ذٰلِكُمْ وَصّٰكُمْ بِهِ لَعَلَّكُمْ
تَذَكَّرُونَ ﴿١٥٢﴾
وَأَنَّ هٰذَا صِرَاطِي مُسْتَقِيمًا فَاتَّبِعُوهُ ۚ وَلَا تَتَّبِعُوا
السُّبُلَ فَتَفَرَّقَ بِكُمْ عَنْ سَبِيلِهِ ۖ ذٰلِكُمْ وَصّٰكُمْ بِهِ
لَعَلَّكُمْ تَتَّقُونَ ﴿١٥٣﴾
ثُمَّ آتَيْنَا مُوسَى الْكِتٰبَ تَمَامًا عَلَى الَّذِي أَحْسَنَ وَ
تَفْصِيلًا لِكُلِّ شَيْءٍ وَهُدًى وَرَحْمَةً لَعَلَّهُمْ بِلِقَاءِ
ع ١٩ ٦ رَبِّهِمْ يُؤْمِنُونَ ﴿١٥٤﴾
وَهٰذَا كِتٰبٌ أَنْزَلْنٰهُ مُبٰرَكٌ فَاتَّبِعُوهُ وَاتَّقُوا لَعَلَّكُمْ
تُرْحَمُونَ ﴿١٥٥﴾

---

* Laŭ la leĝo de la lando.

157. por ke vi ne diru: "Vere la Libro estis sendita nur por du popoloj antaŭ ni, kaj ni nesciis, kiel ili ĝin studis",

158. aŭ por ke vi ne diru: "Se la Libro estus sendita al ni, ni estus certe pli bone gvidataj ol ili". Tiam vere venis al vi evidentaj signoj de via Sinjoro kaj gvidado kaj graco. Kiu do estas pli malbonfaranta ol tiu, kiu rifuzas la signojn de Allah kaj turnas sin for de ili? Ni repagos tiujn, kiuj turnas sin for de Niaj signoj, per terura turmento, ĉar ili turnis sin for.

159. Ĉu ili atendas ion alian ol, ke anĝeloj venu al ili, aŭ ke via Sinjoro venu, aŭ ke iuj el la signoj de via Sinjoro venu? En la tago, en kiu iuj signoj de via Sinjoro venos, neniom utilos al iu ajn animo kredi je ili, se ĝi ne estos kredinta antaŭe aŭ meritinta ion bonan per sia kredo. Diru: "Atendu, ni ankaŭ atendas! ".

160. Vere tiuj, kiuj estigis skismojn en sia religio, kaj dividiĝis en sektojn, vi nenion komunan havas kun ili. Certe ilia afero venos antaŭ Allahon, tiam Li sciigos al ili, kion ili faris.

161. Kiu faros bonan agon, tiu ricevos la dekoblon, kaj kiu faros malbonan agon, tiu ricevos nur similan repagon, kaj al ili ne estos farita maljusteco.

162. Diru: "Rilate al mi, mia Sinjoro gvidis min al la rekta vojo, al la vera religio, al la religio de Abraham la justulo. Li ne estis idolano".

163. Diru: "Vere mia preĝo kaj mia ofero kaj miaj vivo kaj morto apartenas al Allah, la Sinjoro de l' Universo.

164. Li ne havas rivalojn. Tiel al mi estas ordonite kaj mi estas la unua submetiĝinto".

ان تقولوا انما انزل الكتب على طائفتين من
قبلنا وان كنا عن دراستهم لغفلين ﴿١٥٦﴾
او تقولوا لو انا انزل علينا الكتب لكنا اهدى
منهم فقد جاءكم بينة من ربكم وهدى و
رحمة فمن اظلم ممن كذب بايت الله وصدف
عنها سنجزي الذين يصدفون عن ايتنا سوء
العذاب بما كانوا يصدفون ﴿١٥٧﴾
هل ينظرون الا ان تاتيهم الملئكة او ياتي
ربك او ياتي بعض ايت ربك يوم ياتي بعض
ايت ربك لا ينفع نفسا ايمانها لم تكن امنت
من قبل او كسبت في ايمانها خيرا قل انتظروا
انا منتظرون ﴿١٥٨﴾
ان الذين فرقوا دينهم وكانوا شيعا لست منهم
في شيء انما امرهم الى الله ثم ينبئهم بما كانوا
يفعلون ﴿١٥٩﴾
من جاء بالحسنة فله عشر امثالها ومن جاء
بالسيئة فلا يجزى الا مثلها وهم لا يظلمون ﴿١٦٠﴾
قل انني هدىني ربي الى صرط مستقيم دينا
قيما ملة ابرهيم حنيفا وما كان من المشركين ﴿١٦١﴾
قل ان صلاتي ونسكي ومحياي ومماتي لله رب
العلمين ﴿١٦٢﴾
لا شريك له وبذلك امرت وانا اول المسلمين ﴿١٦٣﴾

165. Diru: "Ĉu mi serĉu alian Sinjoron ol Allahon? Li estas la Sinjoro de ĉiuj aĵoj. Ĉiu animo povas peki nur kontraŭ si mem kaj neniu animo ŝarĝita povas porti la ŝarĝon de alia. Poste al via Sinjoro estos via reveno kaj Li sciigos al vi tion, pri kio vi kutimis disputi.

166. Estas Li Tiu, kiu igis iujn el vi sekvantoj de aliaj sur la tero kaj plialtigis je rango iujn el vi super la aliajn, por elprovi vin per tio, kion Li donis al vi. Vere via Sinjoro estas rapida je l' puno kaj certe Li estas la Senkulpigema, la Pardonema.

قُلْ أَغَيْرَ اللّٰهِ أَبْغِي رَبًّا وَهُوَ رَبُّ كُلِّ شَيْءٍ ۚ وَلَا تَكْسِبُ
كُلُّ نَفْسٍ إِلَّا عَلَيْهَا ۚ وَلَا تَزِرُ وَازِرَةٌ وِزْرَ أُخْرَىٰ ۚ
ثُمَّ إِلَىٰ رَبِّكُمْ مَرْجِعُكُمْ فَيُنَبِّئُكُمْ بِمَا كُنْتُمْ فِيهِ
تَخْتَلِفُونَ ﴿١٦٥﴾
وَهُوَ الَّذِي جَعَلَكُمْ خَلَائِفَ الْأَرْضِ وَرَفَعَ بَعْضَكُمْ
فَوْقَ بَعْضٍ دَرَجَاتٍ لِيَبْلُوَكُمْ فِي مَا آتَاكُمْ ۗ إِنَّ رَبَّكَ
سَرِيعُ الْعِقَابِ وَإِنَّهُ لَغَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿١٦٦﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Mīm Sŭād**.

3. Ĉi tio estas Libro sendita al vi – do ne estu en via brusto hezito pri ĝi – por ke vi admonu per ĝi, kaj ĝi estu incitilo por la kredantoj.

4. Sekvu tion, kio estis sendita al vi de via Sinjoro kaj ne sekvu alian protektanton ol Lin. Kiom malmulte vi memoras!

5. Kiom multajn urbojn Ni detruis! Nia puno venis sur ilin nokte, aŭ kiam ili dormis tagmeze.

6. Tiel, kiam Nia puno venis sur ilin, ili nur kriis: "Ni vere estis malbonfarantoj! ".

7. Ni certe demandos tiujn, al kiuj tiaj estis senditaj, kaj Ni certe demandos la senditojn,

8. kaj certe Ni informos ilin laŭ la scio, ĉar Ni neniam forestis.

9. La pesado en tiu tago estos vera; kaj tiuj, kiuj pezos multe, estos sukcesaj;

10. tiuj, kiuj pezos malmulte, estos ruiniigintaj siajn animojn, ĉar ili estis malpiegaj kontraŭ Niaj signoj.

11. Vere Ni vin metis sur la teron kaj estigis sur ĝi la provizaĵojn por vi. Kiom malmulte vi dankas!

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ (١)
الٓمٓصٓ (٢)
كِتَٰبٌ أُنزِلَ إِلَيْكَ فَلَا يَكُن فِى صَدْرِكَ حَرَجٌ مِّنْهُ
لِتُنذِرَ بِهِۦ وَذِكْرَىٰ لِلْمُؤْمِنِينَ (٣)
اتَّبِعُوا مَآ أُنزِلَ إِلَيْكُم مِّن رَّبِّكُمْ وَلَا تَتَّبِعُوا مِن دُونِهِۦٓ
أَوْلِيَآءَ قَلِيلًا مَّا تَذَكَّرُونَ (٤)
وَكَم مِّن قَرْيَةٍ أَهْلَكْنَٰهَا فَجَآءَهَا بَأْسُنَا بَيَٰتًا أَوْ هُمْ قَآئِلُونَ (٥)
فَمَا كَانَ دَعْوَىٰهُمْ إِذْ جَآءَهُم بَأْسُنَآ إِلَّآ أَن قَالُوٓا إِنَّا
كُنَّا ظَٰلِمِينَ (٦)
فَلَنَسْـَٔلَنَّ الَّذِينَ أُرْسِلَ إِلَيْهِمْ وَلَنَسْـَٔلَنَّ الْمُرْسَلِينَ (٧)
فَلَنَقُصَّنَّ عَلَيْهِم بِعِلْمٍ وَمَا كُنَّا غَآئِبِينَ (٨)
وَالْوَزْنُ يَوْمَئِذٍ الْحَقُّ فَمَن ثَقُلَتْ مَوَٰزِينُهُۥ فَأُولَٰٓئِكَ
هُمُ الْمُفْلِحُونَ (٩)
وَمَنْ خَفَّتْ مَوَٰزِينُهُۥ فَأُولَٰٓئِكَ الَّذِينَ خَسِرُوٓا أَنفُسَهُم
بِمَا كَانُوا بِـَٔايَٰتِنَا يَظْلِمُونَ (١٠)
وَلَقَدْ مَكَّنَّٰكُمْ فِى الْأَرْضِ وَجَعَلْنَا لَكُمْ فِيهَا مَعَٰيِشَ
قَلِيلًا مَّا تَشْكُرُونَ (١١)
وَلَقَدْ خَلَقْنَٰكُمْ ثُمَّ صَوَّرْنَٰكُمْ ثُمَّ قُلْنَا لِلْمَلَٰٓئِكَةِ اسْجُدُوا
لِـَٔادَمَ فَسَجَدُوٓا إِلَّآ إِبْلِيسَ لَمْ يَكُن مِّنَ السَّٰجِدِينَ (١٢)

---

* v. la verson 47an k.sekv.
** Mi, Allah, Ĉioscia, Verama

12. Vere Ni kreis vin, poste Ni formis vin, poste Ni diris al la anĝeloj: "Surgenuiĝu antaŭ Adam! ". Kaj ili surgenuiĝis, krom Iblīs. Li ne volis esti unu el la submetiĝantoj.

13. Dio diris: "Kio malhelpis vin submetiĝi, kiam Ni ordonis tion al vi? ". Li respondis: "Mi estas supera al li. Vi kreis min el fajro kaj Vi kreis lin el argilo".

14. Dio diris: "Eliru for de ĉi tie! Ne konvenas al vi fieriĝi ĉi tie. Eliru! Vi certe estas unu el la malsuperegaj! ".

15. Li diris: "Konsentu al mi prokraston ĝis la tago, kiam ili estos starigitaj! ".

16. Dio diris: "Vere vi estos unu el tiuj, al kiuj estas konsentita prokrasto".

17. Li diris: "Ĉar Vi dekretis, ke mi estu pereonta, mi embuskos kontraŭ ili sur Via rekta vojo.

18. Poste mi venos sur ilin de antaŭe kaj de malantaŭe kaj de ilia dekstra kaj de ilia maldekstra flanko, kaj Vi ne trovos multajn el ili dankaj.

19. Dio diris: "Eliru for de ĉi tie, malŝatata kaj ekzilita! Kiu ajn sekvos vin el ili, Ni certe plenigos la inferon per vi ĉiuj.

20. Kaj, ho vi, Adam! Loĝu vi kaj via edzino en la ĝardeno kaj manĝu, kie ajn vi ambaŭ volas, sed ne alproksimiĝu al tiu arbo, por ke vi ne fariĝu pekantoj".

21. Satano tamen flustris al ili malbonajn sugestojn por sciigi al ili tion, kio estis kaŝita el ilia honto, kaj diris: "Via Sinjoro malpermesis al vi tiun arbon nur por ke vi ne fariĝu anĝeloj aŭ por ke vi ne vivu eterne".

22. Kaj li ĵuris al ili: "Vere mi estas sincera konsilanto por vi".

قَالَ مَا مَنَعَكَ أَلَّا تَسْجُدَ إِذْ أَمَرْتُكَ ۖ قَالَ أَنَا خَيْرٌ مِّنْهُ
خَلَقْتَنِي مِن نَّارٍ وَخَلَقْتَهُ مِن طِينٍ ﴿١٣﴾
قَالَ فَاهْبِطْ مِنْهَا فَمَا يَكُونُ لَكَ أَن تَتَكَبَّرَ فِيهَا فَاخْرُجْ
إِنَّكَ مِنَ الصَّاغِرِينَ ﴿١٤﴾
قَالَ أَنظِرْنِي إِلَىٰ يَوْمِ يُبْعَثُونَ ﴿١٥﴾
قَالَ إِنَّكَ مِنَ الْمُنظَرِينَ ﴿١٦﴾
قَالَ فَبِمَا أَغْوَيْتَنِي لَأَقْعُدَنَّ لَهُمْ صِرَاطَكَ
الْمُسْتَقِيمَ ﴿١٧﴾
ثُمَّ لَآتِيَنَّهُم مِّن بَيْنِ أَيْدِيهِمْ وَمِنْ خَلْفِهِمْ
وَعَنْ أَيْمَانِهِمْ وَعَن شَمَائِلِهِمْ ۖ وَلَا تَجِدُ أَكْثَرَهُمْ
شَاكِرِينَ ﴿١٨﴾
قَالَ اخْرُجْ مِنْهَا مَذْءُومًا مَّدْحُورًا ۖ لَّمَن تَبِعَكَ
مِنْهُمْ لَأَمْلَأَنَّ جَهَنَّمَ مِنكُمْ أَجْمَعِينَ ﴿١٩﴾
وَيَا آدَمُ اسْكُنْ أَنتَ وَزَوْجُكَ الْجَنَّةَ فَكُلَا مِنْ حَيْثُ
شِئْتُمَا وَلَا تَقْرَبَا هَٰذِهِ الشَّجَرَةَ فَتَكُونَا مِنَ
الظَّالِمِينَ ﴿٢٠﴾
فَوَسْوَسَ لَهُمَا الشَّيْطَانُ لِيُبْدِيَ لَهُمَا مَا وُورِيَ
عَنْهُمَا مِن سَوْآتِهِمَا وَقَالَ مَا نَهَاكُمَا رَبُّكُمَا عَنْ
هَٰذِهِ الشَّجَرَةِ إِلَّا أَن تَكُونَا مَلَكَيْنِ أَوْ تَكُونَا مِنَ
الْخَالِدِينَ ﴿٢١﴾
وَقَاسَمَهُمَا إِنِّي لَكُمَا لَمِنَ النَّاصِحِينَ ﴿٢٢﴾
فَدَلَّاهُمَا بِغُرُورٍ ۚ فَلَمَّا ذَاقَا الشَّجَرَةَ بَدَتْ لَهُمَا

سَوْاٰتُهُمَا وَطَفِقَا يَخْصِفٰنِ عَلَيْهِمَا مِنْ وَّرَقِ
الْجَنَّةِ ؕ وَنَادٰىهُمَا رَبُّهُمَآ اَلَمْ اَنْهَكُمَا عَنْ تِلْكُمَا
الشَّجَرَةِ وَاَقُلْ لَّكُمَآ اِنَّ الشَّيْطٰنَ لَكُمَا عَدُوٌّ
مُّبِيْنٌ ﴿٢٢﴾

23. Tiel li ruze igis ilin malobeemaj kaj, kiam ili gustumis el la arbo, ilia honto evidentiĝis al ili kaj ili komencis kolekti la foliojn de la ĝardeno sur sin mem, kaj ilia Sinjoro vokis ilin: "Ĉu mi ne malpermesis al vi tiun arbon kaj diris al vi: Satano estas via evidenta malamiko? ".

قَالَا رَبَّنَا ظَلَمْنَآ اَنْفُسَنَا ٚ وَاِنْ لَّمْ تَغْفِرْ لَنَا وَ
تَرْحَمْنَا لَنَكُوْنَنَّ مِنَ الْخٰسِرِيْنَ ﴿٢٣﴾

24. Ili ambaŭ diris: "Nia Sinjoro, ni pekis kontraŭ ni mem; se vi ne pardonas nin kaj ne havas kompaton por ni, ni certe estos el la perdantoj".

قَالَ اهْبِطُوْا بَعْضُكُمْ لِبَعْضٍ عَدُوٌّ ۚ وَلَكُمْ فِي الْاَرْضِ
مُسْتَقَرٌّ وَّمَتَاعٌ اِلٰى حِيْنٍ ﴿٢٤﴾

25. Li diris: "Eliru! Iuj el vi estos malamikoj de la aliaj, kaj por vi estos sur la tero restadejo kaj provizaĵo por kelke da tempo".

قَالَ فِيْهَا تَحْيَوْنَ وَفِيْهَا تَمُوْتُوْنَ وَمِنْهَا
تُخْرَجُوْنَ ﴿٢٥﴾ ع

26. Li diris: "Tie vi vivos kaj tie vi mortos kaj de tie vi estos forportitaj".

يٰبَنِيْٓ اٰدَمَ قَدْ اَنْزَلْنَا عَلَيْكُمْ لِبَاسًا يُّوَارِيْ سَوْاٰتِكُمْ
وَرِيْشًا ؕ وَلِبَاسُ التَّقْوٰى ۙ ذٰلِكَ خَيْرٌ ؕ ذٰلِكَ مِنْ
اٰيٰتِ اللّٰهِ لَعَلَّهُمْ يَذَّكَّرُوْنَ ﴿٢٦﴾

27. Ho idoj de Adam! Vere Ni sendis al vi vestojn por kovri vian honton kaj por ornami vin, sed la vesto de la virto estas la plej bona. Tio estas unu el la signoj de Allah por ke ili memoru.

يٰبَنِيْٓ اٰدَمَ لَا يَفْتِنَنَّكُمُ الشَّيْطٰنُ كَمَآ اَخْرَجَ اَبَوَيْكُمْ
مِّنَ الْجَنَّةِ يَنْزِعُ عَنْهُمَا لِبَاسَهُمَا لِيُرِيَهُمَا
سَوْاٰتِهِمَا ؕ اِنَّهٗ يَرٰىكُمْ هُوَ وَقَبِيْلُهٗ مِنْ حَيْثُ لَا
تَرَوْنَهُمْ ؕ اِنَّا جَعَلْنَا الشَّيٰطِيْنَ اَوْلِيَآءَ لِلَّذِيْنَ لَا
يُؤْمِنُوْنَ ﴿٢٧﴾

28. Ho idoj de Adam! Ne lasu Satanon devojiĝi vin, kiel li forpelis viajn prapatrojn for de la ĝardeno, senigante ilin je iliaj vestoj por montri al ili ilian honton. Vere li vidas vin, li kaj lia tribo, de kie vi ne vidas ilin. Ni igis la Satanojn esti amikoj de la miskredantoj.

وَاِذَا فَعَلُوْا فَاحِشَةً قَالُوْا وَجَدْنَا عَلَيْهَآ اٰبَآءَنَا
وَاللّٰهُ اَمَرَنَا بِهَا ؕ قُلْ اِنَّ اللّٰهَ لَا يَاْمُرُ بِالْفَحْشَآءِ ؕ
اَتَقُوْلُوْنَ عَلَى اللّٰهِ مَا لَا تَعْلَمُوْنَ ﴿٢٨﴾

29. Kiam ili faras abomenindaĵon, ili diras: "Ni trovis niajn prapatrojn ĉe ĝi, kaj Allah ordonis ĝin al ni". Diru: "Neniam Allah ordonas abomenindaĵojn. Do, ĉu vi volas diri pri Allah, kion vi ne scias? ".

قُلْ اَمَرَ رَبِّيْ بِالْقِسْطِ ۟ وَاَقِيْمُوْا وُجُوْهَكُمْ عِنْدَ كُلِّ

30. Diru: "Mia Sinjoro ordonis la justecon. Fiksu vian atenton al ĉiu moskeo kaj alvoku Lin sincere en la kredo. Kiel Li vin kreis, tiel vi revenos.

31. Iujn Li gvidis, kaj por aliaj la erarado farîĝis normo. Vere ili prenis Satanojn kiel amikojn krom Allahon kaj ili imagas,ke ili estas gvidataj.

32. Ho idoj de Adam! Atentu pri viaj ornamaĵoj en ĉiu moskeo kaj manĝu kaj trinku sed ne transpaŝu la limojn. Li vere ne amas la transpaŝantojn.

33. Diru: "Kiu malpermesis la ornamaĵojn, kiujn Allah estigis por Siaj servantoj kaj la bonajn aĵojn, kiujn Li provizis? ". Diru: "Tio estas por la kredantoj en ĉi tiu vivo, kaj ekskluzive por ili en la tago de la reviviĝo". Tiel Ni klarigas la signojn por la popolo scianta.

34. Diru: "Vere mia Sinjoro malpermesis la malbonajn agojn, ĉu publikajn, ĉu kaŝitajn, kaj la pekon kaj la maljustajn transpaŝojnkaj, ke estu aldonita al Allah kiel rivalo tio, por kio ne estis sendita iu ajn rajtigo, kaj ke vi diru pri Allah, kion vi ne scias".

35. Por ĉiu popolo estas difinita limtempo; kiam venos ilia limtempo ili ne povos malfrui eĉ unu momenton kaj ili ankaŭ ne povos akceli ĝin.

36. Ho idoj de Adam! Se venas al vi senditoj el via mezo, klarigante al vi Miajn signojn, por tiuj, kiuj respektegas Dion kaj bonfaras, ne estos plu timo, nek malgajeco.

37. Tiuj, kiuj rifuzas Niajn signojn kaj turnas sin for de ili, estos loĝantoj de l' fajro, kaj tie ili ĉiam restos.

38. Kiu do estas pli maljusta, ol tiu, kiu elpensas mensogon kontraŭ Allah aŭ rifuzas Liajn signojn? Por ili estos la sorto dekretita de Ni laŭ la Libro, ĝis venos al ili Niaj senditoj* por forpreni iliajn animojn

* Anĝeloj

مَسْجِدٍ وَّادْعُوْهُ مُخْلِصِيْنَ لَهُ الدِّيْنَ ۥ كَمَا بَدَاَكُمْ
تَعُوْدُوْنَ ﴿٣٠﴾
فَرِيْقًا هَدٰى وَفَرِيْقًا حَقَّ عَلَيْهِمُ الضَّلٰلَةُ ؕ اِنَّهُمُ
اتَّخَذُوا الشَّيٰطِيْنَ اَوْلِيَآءَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ وَيَحْسَبُوْنَ
اَنَّهُمْ مُّهْتَدُوْنَ ﴿٣١﴾
يٰبَنِيْٓ اٰدَمَ خُذُوْا زِيْنَتَكُمْ عِنْدَ كُلِّ مَسْجِدٍ وَّكُلُوْا
ع وَاشْرَبُوْا وَلَا تُسْرِفُوْا ۚ اِنَّهٗ لَا يُحِبُّ الْمُسْرِفِيْنَ ﴿٣٢﴾
قُلْ مَنْ حَرَّمَ زِيْنَةَ اللّٰهِ الَّتِيْٓ اَخْرَجَ لِعِبَادِهٖ وَالطَّيِّبٰتِ
مِنَ الرِّزْقِ ؕ قُلْ هِيَ لِلَّذِيْنَ اٰمَنُوْا فِي الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا
خَالِصَةً يَّوْمَ الْقِيٰمَةِ ؕ كَذٰلِكَ نُفَصِّلُ الْاٰيٰتِ لِقَوْمٍ
يَّعْلَمُوْنَ ﴿٣٣﴾
قُلْ اِنَّمَا حَرَّمَ رَبِّيَ الْفَوَاحِشَ مَا ظَهَرَ مِنْهَا وَمَا بَطَنَ
وَالْاِثْمَ وَالْبَغْيَ بِغَيْرِ الْحَقِّ وَاَنْ تُشْرِكُوْا بِاللّٰهِ مَا لَمْ
يُنَزِّلْ بِهٖ سُلْطٰنًا وَّاَنْ تَقُوْلُوْا عَلَى اللّٰهِ مَا لَا تَعْلَمُوْنَ ﴿٣٤﴾
وَلِكُلِّ اُمَّةٍ اَجَلٌ ۚ فَاِذَا جَآءَ اَجَلُهُمْ لَا يَسْتَاْخِرُوْنَ
سَاعَةً وَّلَا يَسْتَقْدِمُوْنَ ﴿٣٥﴾
يٰبَنِيْٓ اٰدَمَ اِمَّا يَاْتِيَنَّكُمْ رُسُلٌ مِّنْكُمْ يَقُصُّوْنَ عَلَيْكُمْ
اٰيٰتِيْ ۙ فَمَنِ اتَّقٰى وَاَصْلَحَ فَلَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ وَلَا
هُمْ يَحْزَنُوْنَ ﴿٣٦﴾
وَالَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا وَاسْتَكْبَرُوْا عَنْهَآ اُولٰٓئِكَ
اَصْحٰبُ النَّارِ ۚ هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿٣٧﴾
فَمَنْ اَظْلَمُ مِمَّنِ افْتَرٰى عَلَى اللّٰهِ كَذِبًا اَوْ كَذَّبَ

kaj diros: "Kie estas tio, kion vi kutimis alvoki krom Allahon? ". Ili respondos: "Ili foriris de ni", kaj ili atestos kontraŭ si mem, ĉar ili estis miskredantoj.

39. Li diros: "Eniru la fajron kun la nacioj de la Ĝinnoj kaj de la homoj, kiuj jam pasis antaŭ vi". Ĉiufoje, kiam popolo eniras, ili malbenas siajn kunulojn, ĝis ĉiuj estas enirintaj; kaj diras la lasta el ili pri la unua: "Nia Sinjoro, tiuj devojiĝis nin, donu do al ili la duoblan turmenton de la fajro". Li diros: "Por ĉiuj estos duoblo, sed vi ne scias".

40. Tiam diros la unuaj al la lastaj: "Vi do neniel estas superaj al ni je la graco; gustumu do la turmenton pro tio, kion vi meritis".

41. Por tiuj, kiuj rifuzas Niajn signojn kaj turnas sin for de ili, ne malfermiĝos la pordoj de la ĉielo, kaj ili ne eniros la Paradizon, antaŭ ol kamelo eniros kudriltruon. Tiel Ni repagos la ofendintojn.

42. Por ili estos kuŝejo en la infero, kaj super ili estos simila kovrilo. Tiel Ni repagos la malbonfarintojn.

43. La kredantoj kaj la bonfarantoj – kaj Ni ne ŝarĝas iun animon trans ĝia kapablo – estos loĝantoj de l' Paradizo kaj tie ili restos por ĉiam.

44. Kaj Ni forprenos de iliaj brustoj ĉiun ajn malamon. Sub ili fluos riveroj, kaj ili diros: "Estu laŭdegata Allah, kiu nin gvidis al ĉi tio; kaj ni ne estus trovintaj gvidadon, se Allah ne gvidus nin. Vere venis la senditoj de nia Sinjoro kun la vero! " kaj al ili estos anoncite: "Tio ĉi estas la Paradizo, kiu estas konsentita al vi pro tio, kion vi faris".

بِاٰيٰتِهٖ ۚ اُولٰٓئِكَ يَنَالُهُمْ نَصِيْبُهُمْ مِّنَ الْكِتٰبِ ۗ حَتّٰٓى
اِذَا جَآءَتْهُمْ رُسُلُنَا يَتَوَفَّوْنَهُمْ ۙ قَالُوْٓا اَيْنَ مَا كُنْتُمْ
تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ ۗ قَالُوْا ضَلُّوْا عَنَّا وَشَهِدُوْا
عَلٰٓى اَنْفُسِهِمْ اَنَّهُمْ كَانُوْا كٰفِرِيْنَ ﴿٣٨﴾
قَالَ ادْخُلُوْا فِيْٓ اُمَمٍ قَدْ خَلَتْ مِنْ قَبْلِكُمْ مِّنَ الْجِنِّ
وَالْاِنْسِ فِى النَّارِ ۗ كُلَّمَا دَخَلَتْ اُمَّةٌ لَّعَنَتْ اُخْتَهَا ۗ
حَتّٰٓى اِذَا ادَّارَكُوْا فِيْهَا جَمِيْعًا ۙ قَالَتْ اُخْرٰىهُمْ لِاُوْلٰىهُمْ
رَبَّنَا هٰٓؤُلَآءِ اَضَلُّوْنَا فَاٰتِهِمْ عَذَابًا ضِعْفًا مِّنَ النَّارِ ۗ
قَالَ لِكُلٍّ ضِعْفٌ وَّلٰكِنْ لَّا تَعْلَمُوْنَ ﴿٣٩﴾
وَقَالَتْ اُوْلٰىهُمْ لِاُخْرٰىهُمْ فَمَا كَانَ لَكُمْ عَلَيْنَا مِنْ
فَضْلٍ فَذُوْقُوا الْعَذَابَ بِمَا كُنْتُمْ تَكْسِبُوْنَ ﴿٤٠﴾ ع
اِنَّ الَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا وَاسْتَكْبَرُوْا عَنْهَا لَا تُفَتَّحُ
لَهُمْ اَبْوَابُ السَّمَآءِ وَلَا يَدْخُلُوْنَ الْجَنَّةَ حَتّٰى يَلِجَ
الْجَمَلُ فِيْ سَمِّ الْخِيَاطِ ۗ وَكَذٰلِكَ نَجْزِى الْمُجْرِمِيْنَ ﴿٤١﴾
لَهُمْ مِّنْ جَهَنَّمَ مِهَادٌ وَّمِنْ فَوْقِهِمْ غَوَاشٍ ۗ وَ
كَذٰلِكَ نَجْزِى الظّٰلِمِيْنَ ﴿٤٢﴾
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَا نُكَلِّفُ نَفْسًا اِلَّا
وُسْعَهَآ ۘ اُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ الْجَنَّةِ ۚ هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿٤٣﴾
وَنَزَعْنَا مَا فِيْ صُدُوْرِهِمْ مِّنْ غِلٍّ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهِمُ
الْاَنْهٰرُ ۚ وَقَالُوا الْحَمْدُ لِلّٰهِ الَّذِيْ هَدٰىنَا لِهٰذَا ۗ وَمَا
كُنَّا لِنَهْتَدِيَ لَوْلَآ اَنْ هَدٰىنَا اللّٰهُ ۚ لَقَدْ جَآءَتْ
رُسُلُ رَبِّنَا بِالْحَقِّ ۗ وَنُوْدُوْٓا اَنْ تِلْكُمُ الْجَنَّةُ اُوْرِثْتُمُوْهَا

45. Kaj la loĝantoj de l' Paradizo krios al la loĝantoj de l' fajro: "Jen, ni trovis la veron, kiun nia Sinjoro promesis al ni. Ĉu ankaŭ vi trovis la veron, kiun via Sinjoro promesis al vi? ". Ili diros: "Jes". Tiam krios inter ili anoncanto: "La malbeno de Allah sur la malbonfarantojn,

46. kiuj deklinis de la vojo de Allah kaj provis distordi ĝin kaj ne kredis al la vivo venonta! ".

47. Inter ambaŭ grupoj estos dividilo, kaj sur la altrando estos homoj, kiujn ĉiuj rekonos pro iliaj distingiloj*. Ili vokos la loĝantojn de l' Paradizo, dirante: "La paco estu kun vi! ". Ĉi tiuj ankoraŭ ne eniris la Paradizon, kvankam ili tion esperas.

48. Kiam ili turnos sian rigardon al la loĝantoj de l' fajro, ili diros: "Nia Sinjoro, ne aligu nin al la popolo malbonfarinta! ".

49. kaj la loĝantoj de la altrando vokos la homojn, kiujn ili rekonos pro iliaj distingiloj, kaj diros: "Via multenombro neniom utilis al vi kaj neniom utilis al vi via fiereco.

50. Ĉu estas ili tiuj, pri kiuj vi ĵuris, ke Allah ne konsentis al ili gracon? Eniru la Paradizon; por vi plu ne estos timo nek malgajeco".

51. Kaj la loĝantoj de l' fajro vokos la loĝantojn de l' Paradizo, dirante: "Verŝu sur nin iom da akvo aŭ el tio, kion Allah donis al vi", kaj ili respondos: "Vere Allah malpermesis ambaŭ al la miskredantoj,

52. kiuj prenis sian religion kiel ludilon kaj amuzaĵon, kaj kiujn la vivo de ĉi tiu mondo

بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿٤٣﴾
وَنَادٰٓى اَصْحٰبُ الْجَنَّةِ اَصْحٰبَ النَّارِ اَنْ قَدْ وَجَدْنَا
مَا وَعَدَنَا رَبُّنَا حَقًّا فَهَلْ وَجَدْتُّمْ مَّا وَعَدَ رَبُّكُمْ
حَقًّا قَالُوْا نَعَمْ فَاَذَّنَ مُؤَذِّنٌۢ بَيْنَهُمْ اَنْ لَّعْنَةُ اللّٰهِ
عَلَى الظّٰلِمِيْنَ ﴿٤٤﴾
الَّذِيْنَ يَصُدُّوْنَ عَنْ سَبِيْلِ اللّٰهِ وَيَبْغُوْنَهَا عِوَجًا
وَهُمْ بِالْاٰخِرَةِ كٰفِرُوْنَ ﴿٤٥﴾
وَبَيْنَهُمَا حِجَابٌ وَعَلَى الْاَعْرَافِ رِجَالٌ يَّعْرِفُوْنَ كُلًّا
بِسِيْمٰىهُمْ وَنَادَوْا اَصْحٰبَ الْجَنَّةِ اَنْ سَلٰمٌ عَلَيْكُمْ
لَمْ يَدْخُلُوْهَا وَهُمْ يَطْمَعُوْنَ ﴿٤٦﴾
وَاِذَا صُرِفَتْ اَبْصَارُهُمْ تِلْقَآءَ اَصْحٰبِ النَّارِ قَالُوْا رَبَّنَا
لَا تَجْعَلْنَا مَعَ الْقَوْمِ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٤٧﴾ ع ١٢
وَنَادٰٓى اَصْحٰبُ الْاَعْرَافِ رِجَالًا يَّعْرِفُوْنَهُمْ بِسِيْمٰىهُمْ
قَالُوْا مَآ اَغْنٰى عَنْكُمْ جَمْعُكُمْ وَمَا كُنْتُمْ تَسْتَكْبِرُوْنَ ﴿٤٨﴾
اَهٰٓؤُلَآءِ الَّذِيْنَ اَقْسَمْتُمْ لَا يَنَالُهُمُ اللّٰهُ بِرَحْمَةٍ
اُدْخُلُوا الْجَنَّةَ لَا خَوْفٌ عَلَيْكُمْ وَلَآ اَنْتُمْ تَحْزَنُوْنَ ﴿٤٩﴾
وَنَادٰٓى اَصْحٰبُ النَّارِ اَصْحٰبَ الْجَنَّةِ اَنْ اَفِيْضُوْا عَلَيْنَا
مِنَ الْمَآءِ اَوْ مِمَّا رَزَقَكُمُ اللّٰهُ قَالُوْٓا اِنَّ اللّٰهَ حَرَّمَهُمَا
عَلَى الْكٰفِرِيْنَ ﴿٥٠﴾
الَّذِيْنَ اتَّخَذُوْا دِيْنَهُمْ لَهْوًا وَّلَعِبًا وَّغَرَّتْهُمُ الْحَيٰوةُ
الدُّنْيَا فَالْيَوْمَ نَنْسٰىهُمْ كَمَا نَسُوْا لِقَآءَ يَوْمِهِمْ هٰذَا
وَمَا كَانُوْا بِاٰيٰتِنَا يَجْحَدُوْنَ ﴿٥١﴾

* Laŭ la tradicio, temas pri la Profetoj, kiuj ĝuos apartan rangon en la vivo venonta.

malsaĝigis". Kaj en tiu tago Ni forgesos ilin, kiel ili forgesis en ĉi tiu tago la renkonton, kaj kiel ili kutimis negi Niajn signojn.

53. Kaj Ni vere donis al ili Libron, kiun Ni deklaris – scie – gvidilo kaj graco por la popolo kredanta.

54. Ĉu ili atendas ion alian ol ĝian plenumiĝon? En la tago, kiam venos ĝia plenumiĝo, diros tiuj, kiuj antaŭe ĝin forgesis: "La senditoj de nia Sinjoro vere venis kun la vero. Ĉu ni havas propetantojn, kiuj propetas por ni? Aŭ ĉu ni povus esti resenditaj, por agi alie ol ni kutimis agi? ". Vere ili ruinigis siajn animojn, kaj ilin forlasis tio, kion ili elpensis.

55. Jen, via Sinjoro estas Allah, kiu kreis en ses tagoj la ĉielojn kaj la teron, poste sidiĝis sur la tronon; li ĵetas la vualon de la nokto sur la tagon, kiun ĝi sekvas rapide. Kaj Li kreis la sunon kaj la lunon kaj la stelojn, kiuj servas laŭ Lia ordono. Ĉu ne apartenas al Li la kreo kaj la leĝo? Benata estu Allah, la Sinjoro de l' Universo!

56. Voku vian Sinjoron humile kaj kaŝe. Li ne amas la ekscesantojn.

57. Ne estigu malpacon sur la tero post ĝia ordiĝo, kaj voku Lin respektege kaj esperante. Vere la graco de Allah estas proksima al la pacemuloj.

58. Estas Li Tiu, kiu sendas antaŭ Sia favoro la ventojn kiel portantojn de la bona novaĵo, ĝis Ni puŝas ilin, kiam ili portas pluvoplenajn nubojn, al mortinta regiono; poste Ni sendas sur ĝin la akvon kaj tiel Ni estigas el ĝi ĉiuspecajn fruktojn. Tiel Ni elirigos la mortintojn, por ke vi memoru.

وَلَقَدْ جِئْنٰهُمْ بِكِتٰبٍ فَصَّلْنٰهُ عَلٰى عِلْمٍ هُدًى وَّ
رَحْمَةً لِّقَوْمٍ يُّؤْمِنُوْنَ ﴿٥٣﴾
هَلْ يَنْظُرُوْنَ اِلَّا تَاْوِيْلَهٗ ۭ يَوْمَ يَاْتِيْ تَاْوِيْلُهٗ يَقُوْلُ
الَّذِيْنَ نَسُوْهُ مِنْ قَبْلُ قَدْ جَاۗءَتْ رُسُلُ رَبِّنَا بِالْحَقِّ ۚ
فَهَلْ لَّنَا مِنْ شُفَعَاۗءَ فَيَشْفَعُوْا لَنَآ اَوْ نُرَدُّ فَنَعْمَلَ
غَيْرَ الَّذِيْ كُنَّا نَعْمَلُ ۭ قَدْ خَسِرُوْٓا اَنْفُسَهُمْ وَضَلَّ
عَنْهُمْ مَّا كَانُوْا يَفْتَرُوْنَ ﴿٥٤﴾ ع
اِنَّ رَبَّكُمُ اللّٰهُ الَّذِيْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ فِيْ
سِتَّةِ اَيَّامٍ ثُمَّ اسْتَوٰى عَلَى الْعَرْشِ ۣ يُغْشِي الَّيْلَ النَّهَارَ
يَطْلُبُهٗ حَثِيْثًا ۙ وَّالشَّمْسَ وَالْقَمَرَ وَالنُّجُوْمَ مُسَخَّرٰتٍۢ
بِاَمْرِهٖ ۭ اَلَا لَهُ الْخَلْقُ وَالْاَمْرُ ۭ تَبٰرَكَ اللّٰهُ رَبُّ
الْعٰلَمِيْنَ ﴿٥٥﴾
اُدْعُوْا رَبَّكُمْ تَضَرُّعًا وَّخُفْيَةً ۭ اِنَّهٗ لَا يُحِبُّ
الْمُعْتَدِيْنَ ﴿٥٦﴾
وَلَا تُفْسِدُوْا فِي الْاَرْضِ بَعْدَ اِصْلَاحِهَا وَادْعُوْهُ
خَوْفًا وَّطَمَعًا ۭ اِنَّ رَحْمَتَ اللّٰهِ قَرِيْبٌ مِّنَ الْمُحْسِنِيْنَ ﴿٥٧﴾
وَهُوَ الَّذِيْ يُرْسِلُ الرِّيٰحَ بُشْرًۢا بَيْنَ يَدَيْ رَحْمَتِهٖ ۭ
حَتّٰٓي اِذَآ اَقَلَّتْ سَحَابًا ثِقَالًا سُقْنٰهُ لِبَلَدٍ مَّيِّتٍ فَاَنْزَلْنَا
بِهِ الْمَاۗءَ فَاَخْرَجْنَا بِهٖ مِنْ كُلِّ الثَّمَرٰتِ ۭ كَذٰلِكَ نُخْرِجُ
الْمَوْتٰى لَعَلَّكُمْ تَذَكَّرُوْنَ ﴿٥٨﴾
وَالْبَلَدُ الطَّيِّبُ يَخْرُجُ نَبَاتُهٗ بِاِذْنِ رَبِّهٖ ۚ وَالَّذِيْ
خَبُثَ لَا يَخْرُجُ اِلَّا نَكِدًا ۭ كَذٰلِكَ نُصَرِّفُ الْاٰيٰتِ

59. Kaj pri la bona tero sciu: ĝiaj kreskaĵoj kreskas laŭ la dekreto de ĝia Sinjoro. Se ĝi tamen estas malbona, la kreskaĵoj burĝonas nur mizere. Tiel Ni variigas la signojn por la popolo dankema.

60. Vere Ni sendis Noan al lia popolo, kaj li diris: "Ho mia popolo! Adoru Allahon; vi ne havas alian Dion ol Lin. Vere mi timas por vi la punon de la tago terura".

61. Diris la estroj de lia popolo: "Vere ni vidas vin en evidenta eraro".

62. Li respondis: "Ho mia popolo! En mi ne estas eraro; kontraŭe, mi estas sendito de la Sinjoro de l' Universo.

63. Mi portas al vi la senditaĵojn de mia Sinjoro kaj mi konsilas vin sincere, kaj mi scias pere de Allah tion, kion vi ne scias.

64. Ĉu vi miras, ĉar venis al vi la admono de via Sinjoro pere de homo el via mezo, por ke li admonu vin, kaj por ke vi fariĝu justuloj, kaj por ke vi trovu kompaton? ".

65. Tamen ili kulpigis lin pri mensogo, tiam Ni savis lin kaj tiujn, kiuj estis kun li en la arkeo kaj Ni dronigis tiujn, kiuj rifuzis Niajn signojn. Vere ili estis blinda popolo.

66. Al la Aadanoj Ni sendis ilian fraton Hûdon. Li diris: "Ho mia popolo, adoru Allahon. Vi havas neniun alian Dion ol Lin. Ĉu vi ne volas esti justaj? ".

67. Diris la estroj miskredantaj de lia popolo: "Vere ni vidas vin trempita en malsaĝeco, kaj vere ni juĝas vin mensogulo".

68. Li respondis: "Ho mia popolo, ne estas malsaĝeco en mi; kontraŭe, mi estas sendito de la Sinjoro de l' Universo.

ع لِقَوْمٍ يَشْكُرُونَ ﴿٥٩﴾
١٤
لَقَدْ أَرْسَلْنَا نُوحًا إِلَىٰ قَوْمِهِ فَقَالَ يَٰقَوْمِ اعْبُدُوا
اللَّهَ مَا لَكُم مِّنْ إِلَٰهٍ غَيْرُهُ إِنِّي أَخَافُ عَلَيْكُمْ
عَذَابَ يَوْمٍ عَظِيمٍ ﴿٦٠﴾
قَالَ الْمَلَأُ مِن قَوْمِهِ إِنَّا لَنَرَاكَ فِي ضَلَالٍ مُّبِينٍ ﴿٦١﴾
قَالَ يَٰقَوْمِ لَيْسَ بِي ضَلَالَةٌ وَلَٰكِنِّي رَسُولٌ مِّن رَّبِّ
الْعَالَمِينَ ﴿٦٢﴾
أُبَلِّغُكُمْ رِسَالَاتِ رَبِّي وَأَنصَحُ لَكُمْ وَأَعْلَمُ مِنَ اللَّهِ
مَا لَا تَعْلَمُونَ ﴿٦٣﴾
أَوَعَجِبْتُمْ أَن جَاءَكُمْ ذِكْرٌ مِّن رَّبِّكُمْ عَلَىٰ رَجُلٍ مِّنكُمْ
لِيُنذِرَكُمْ وَلِتَتَّقُوا وَلَعَلَّكُمْ تُرْحَمُونَ ﴿٦٤﴾
فَكَذَّبُوهُ فَأَنجَيْنَاهُ وَالَّذِينَ مَعَهُ فِي الْفُلْكِ وَأَغْرَقْنَا
ع الَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيَاتِنَا إِنَّهُمْ كَانُوا قَوْمًا عَمِينَ ﴿٦٥﴾
وَإِلَىٰ عَادٍ أَخَاهُمْ هُودًا قَالَ يَٰقَوْمِ اعْبُدُوا اللَّهَ
مَا لَكُم مِّنْ إِلَٰهٍ غَيْرُهُ أَفَلَا تَتَّقُونَ ﴿٦٦﴾
قَالَ الْمَلَأُ الَّذِينَ كَفَرُوا مِن قَوْمِهِ إِنَّا لَنَرَاكَ فِي
سَفَاهَةٍ وَإِنَّا لَنَظُنُّكَ مِنَ الْكَاذِبِينَ ﴿٦٧﴾
قَالَ يَٰقَوْمِ لَيْسَ بِي سَفَاهَةٌ وَلَٰكِنِّي رَسُولٌ مِّن رَّبِّ
الْعَالَمِينَ ﴿٦٨﴾
أُبَلِّغُكُمْ رِسَالَاتِ رَبِّي وَأَنَا لَكُمْ نَاصِحٌ أَمِينٌ ﴿٦٩﴾
أَوَعَجِبْتُمْ أَن جَاءَكُمْ ذِكْرٌ مِّن رَّبِّكُمْ عَلَىٰ رَجُلٍ
مِّنكُمْ لِيُنذِرَكُمْ وَاذْكُرُوا إِذْ جَعَلَكُمْ خُلَفَاءَ مِن

69. Mi alportas al vi la bonan novaĵon de mia Sinjoro, kaj por vi mi estas sincera konsilanto.

70. Ĉu vi miras, ĉar venis al vi la admono de via Sinjoro pere de homo el via mezo, por ke li admonu vin? Memoru, kiam Li igis vin heredantoj de la popolo de Noa, kaj igis vin pli grandaj je staturo. Memoru la bonfarojn de Allah, por ke vi estu sukcesaj".

71. Ili diris: "Ĉu vi venis al ni, por ke ni adoru Allahon, nur Lin, kaj forlasu tion, kion kutimis adori niaj prapatroj? Alportu tion, pri kio vi minacas, se vi estas verama! ".

72. Li respondis: "Vere jam falis sur vin la puno kaj la kolero de via Sinjoro. Ĉu vi volas disputi kun mi pri nomoj, kiujn vi nomis – vi kaj viaj prapatroj –, por kiuj Allah ne sendis iun pravigon? Atendu do, mi vere ankaŭ atendos kun vi".

73. Poste Ni savis lin kaj tiujn, kiuj estis kun li, pro Nia kompato, kaj Ni fortranĉis la lastan restaĵon de tiuj, kiuj rifuzis Niajn signojn kaj ne estis kredantoj.

74. Al la Tamūdoj Ni sendis ilian fraton Sŭālehon. Li diris: "Ho mia popolo, adoru Allahon, vi ne havas alian Dion ol Lin. Vere venis al vi evidenta signo de via Sinjoro – tiu kamelino de Allah, signo por vi. Lasu ĝin paŝti sur la tero de Allah kaj neniel malutilu al ĝi, alie trafus vin dolora puno.

75. Kaj memoru, kiam Li igis vin heredantoj de la Aadanoj, kaj Li asignis al vi restadejon en la lando; vi konstruas palacojn en ĝiaj ebenaĵoj kaj elfosas loĝejojn en la montoj. Memoru la bonfarojn de Allah kaj ne estigu krime malfeliĉon sur la tero".

76. Diris la estroj fieregaj de lia popolo al tiuj, kiuj estis rigardataj kiel malfortaj – tiuj estis la kredantoj –: "Ĉu vi opinias, ke Sŭ-

بَعْدِ قَوْمِ نُوحٍ وَّزَادَكُمْ فِي الْخَلْقِ بَصْۜطَةً ۚ فَاذْكُرُوا
آلَاءَ اللّٰهِ لَعَلَّكُمْ تُفْلِحُونَ ﴿٧٠﴾
قَالُوا أَجِئْتَنَا لِنَعْبُدَ اللّٰهَ وَحْدَهُ وَنَذَرَ مَا كَانَ
يَعْبُدُ آبَاؤُنَا ۚ فَأْتِنَا بِمَا تَعِدُنَا إِنْ كُنْتَ مِنَ
الصّٰدِقِينَ ﴿٧١﴾
قَالَ قَدْ وَقَعَ عَلَيْكُمْ مِّنْ رَّبِّكُمْ رِجْسٌ وَّغَضَبٌ ۖ
أَتُجَادِلُونَنِي فِي أَسْمَاءٍ سَمَّيْتُمُوهَا أَنْتُمْ وَآبَاؤُكُمْ
مَّا نَزَّلَ اللّٰهُ بِهَا مِنْ سُلْطٰنٍ ۚ فَانْتَظِرُوا إِنِّي مَعَكُمْ
مِّنَ الْمُنْتَظِرِينَ ﴿٧٢﴾
فَأَنْجَيْنٰهُ وَالَّذِينَ مَعَهُ بِرَحْمَةٍ مِّنَّا وَقَطَعْنَا دَابِرَ
الَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيٰتِنَا وَمَا كَانُوا مُؤْمِنِينَ ﴿٧٣﴾ ع
وَإِلٰى ثَمُودَ أَخَاهُمْ صٰلِحًا ۘ قَالَ يٰقَوْمِ اعْبُدُوا اللّٰهَ مَا
لَكُمْ مِّنْ إِلٰهٍ غَيْرُهُ ۖ قَدْ جَاءَتْكُمْ بَيِّنَةٌ مِّنْ رَّبِّكُمْ ۖ
هٰذِهِ نَاقَةُ اللّٰهِ لَكُمْ آيَةً فَذَرُوهَا تَأْكُلْ فِي أَرْضِ
اللّٰهِ وَلَا تَمَسُّوهَا بِسُوءٍ فَيَأْخُذَكُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٧٤﴾
وَاذْكُرُوا إِذْ جَعَلَكُمْ خُلَفَاءَ مِنْ بَعْدِ عَادٍ وَّبَوَّأَكُمْ
فِي الْأَرْضِ تَتَّخِذُونَ مِنْ سُهُولِهَا قُصُورًا وَّتَنْحِتُونَ
الْجِبَالَ بُيُوتًا ۚ فَاذْكُرُوا آلَاءَ اللّٰهِ وَلَا تَعْثَوْا فِي
الْأَرْضِ مُفْسِدِينَ ﴿٧٥﴾
قَالَ الْمَلَأُ الَّذِينَ اسْتَكْبَرُوا مِنْ قَوْمِهِ لِلَّذِينَ
اسْتُضْعِفُوا لِمَنْ آمَنَ مِنْهُمْ أَتَعْلَمُونَ أَنَّ صٰلِحًا
مُّرْسَلٌ مِّنْ رَّبِّهِ ۚ قَالُوا إِنَّا بِمَا أُرْسِلَ بِهِ مُؤْمِنُونَ ﴿٧٦﴾

āleh estas sendito de lia Sinjoro? ". Ili respondis: "Vere ni kredas je tio, kun kio li estas sendita".

77. Tiam diris la fieruloj: "Ni ne kredas je tio, je kio vi kredas".

78. Poste ili buĉis la kamelinon, ribelante kontraŭ la ordono de sia Sinjoro kaj diris: "Ho Sŭāleh, alportu al ni tion, pri kio vi minacas, se vi estas unu el la senditoj".

79. Poste ekkaptis ilin la tertremo, kaj la matenon sekvantan ili kuŝis mortintaj sur la plankoj en siaj domoj.

80. Tiam li turnis sin for de ili kaj diris: "Ho mia popolo, mi vere portis al vi la senditaĵon de mia Sinjoro kaj proponis al vi sinceran konsilon, sed vi ne amas la sincerajn konsilantojn".

81. Kaj memoru, kiam Lot diris al sia popolo: "Ĉu vi volas plenumi hontindaĵon, kianneniu iam plenumis antaŭe en la mondo?

82. Vi alproksimiĝas volupte virojn, anstataŭ virinojn. Nu! Vi estas popolo diboĉa".

83. Sed la respondo de lia popolo estis nur: "Forpelu ilin el via urbo. Ili vere estas homoj, kiuj volas esti puraj".

84. Tiam Ni savis lin kaj lian familion, krom lia edzino: ŝi estis inter tiuj, kiuj restis malantaŭe.

85. Poste Ni sendis sur ilin pluvegon de ŝtonoj. Rigardu do, kiel finiĝas la pekuloj!

86. Kaj al la Madjanitoj Ni sendis ilian fraton Ŝu'ajbon, kiu diris: "Ho mia popolo!

قَالَ الَّذِينَ اسْتَكْبَرُوا إِنَّا بِالَّذِي آمَنتُم بِهِ كَافِرُونَ ﴿٧٧﴾
فَعَقَرُوا النَّاقَةَ وَعَتَوْا عَنْ أَمْرِ رَبِّهِمْ وَقَالُوا يَا صَالِحُ
ائْتِنَا بِمَا تَعِدُنَا إِن كُنتَ مِنَ الْمُرْسَلِينَ ﴿٧٨﴾
فَأَخَذَتْهُمُ الرَّجْفَةُ فَأَصْبَحُوا فِي دَارِهِمْ جَاثِمِينَ ﴿٧٩﴾
فَتَوَلَّىٰ عَنْهُمْ وَقَالَ يَا قَوْمِ لَقَدْ أَبْلَغْتُكُمْ رِسَالَةَ
رَبِّي وَنَصَحْتُ لَكُمْ وَلَٰكِن لَّا تُحِبُّونَ النَّاصِحِينَ ﴿٨٠﴾
وَلُوطًا إِذْ قَالَ لِقَوْمِهِ أَتَأْتُونَ الْفَاحِشَةَ مَا سَبَقَكُم
بِهَا مِنْ أَحَدٍ مِّنَ الْعَالَمِينَ ﴿٨١﴾
إِنَّكُمْ لَتَأْتُونَ الرِّجَالَ شَهْوَةً مِّن دُونِ النِّسَاءِ ۚ
بَلْ أَنتُمْ قَوْمٌ مُّسْرِفُونَ ﴿٨٢﴾
وَمَا كَانَ جَوَابَ قَوْمِهِ إِلَّا أَن قَالُوا أَخْرِجُوهُم
مِّن قَرْيَتِكُمْ ۖ إِنَّهُمْ أُنَاسٌ يَتَطَهَّرُونَ ﴿٨٣﴾
فَأَنجَيْنَاهُ وَأَهْلَهُ إِلَّا امْرَأَتَهُ كَانَتْ مِنَ الْغَابِرِينَ ﴿٨٤﴾
وَأَمْطَرْنَا عَلَيْهِم مَّطَرًا ۖ فَانظُرْ كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ
الْمُجْرِمِينَ ﴿٨٥﴾ ع ١١ ١٤
وَإِلَىٰ مَدْيَنَ أَخَاهُمْ شُعَيْبًا ۗ قَالَ يَا قَوْمِ اعْبُدُوا اللَّهَ
مَا لَكُم مِّنْ إِلَٰهٍ غَيْرُهُ ۖ قَدْ جَاءَتْكُم بَيِّنَةٌ مِّن رَّبِّكُمْ
فَأَوْفُوا الْكَيْلَ وَالْمِيزَانَ وَلَا تَبْخَسُوا النَّاسَ أَشْيَاءَهُمْ
وَلَا تُفْسِدُوا فِي الْأَرْضِ بَعْدَ إِصْلَاحِهَا ۚ ذَٰلِكُمْ خَيْرٌ
لَّكُمْ إِن كُنتُم مُّؤْمِنِينَ ﴿٨٦﴾
وَلَا تَقْعُدُوا بِكُلِّ صِرَاطٍ تُوعِدُونَ وَتَصُدُّونَ
عَن سَبِيلِ اللَّهِ مَنْ آمَنَ بِهِ وَتَبْغُونَهَا عِوَجًا ۚ

adoru Allahon, vi ne havas alian Dion ol Lin. Al vi venis evidenta signo de via Sinjoro. Tial donu plenajn mezurojn kaj pezojn, kaj ne malpliigu ion ajn por la homoj, kaj ne estigu malpacon sur la tero post ĝia ordiĝo. Estas pli bone por vi, se vi estas kredantoj.

87. Kaj ne embusku sur ĉiu vojo minacante kaj klopodante devojigi de la afero de Allah tiujn, kiuj kredas je Li, kaj provante kripligi ĝin. Kaj memoru, kiam vi estis malmultaj kaj Li plimultigis vin. Rigardu, kiel finiĝas la malpacemuloj!

88. Se estas inter vi partio, kiu kredas je tio, kun kio mi estis sendita, kaj alia partio, kiu ne kredas, vi estu paciencaj, ĝis Allah juĝos inter ni. Li estas la plej bona juĝanto".

* Fino de la 8-a parto

89. Diris la estroj fieregaj de lia popolo: "Certe ni forpelos vin, ho Ŝu'ajb, kaj kun vi la kredantojn, el nia urbo, aŭ vi revenu al nia kredo". Li diris: "Ankaŭ, se ni tion ne emas?

90. Fakte ni estus elpensintaj mensogon kontraŭ Allah, se ni revenus al via kredo, post kiam nun Allah savis nin de ĝi. Ne konvenas al ni reveni al ĝi, krom se Allah, nia Sinjoro, volus. Nia Sinjoro ampleksas ĉiujn aferojn per Sia scio. Je Allah ni konfidas. Nia Sinjoro, decidu inter ni kaj nia popolo laŭvere. Vi vere estas la plej bona Decidanto".

91. Diris la estroj miskredantaj de lia popolo: "Se vi sekvos Ŝu'ajbon, vi certe estos el la perdantoj".

92. Tiam ekkaptis ilin tertremo, kaj la matenon sekvantan ili kuŝis mortintaj sur la plankoj en siaj domoj,

وَاذْكُرُوٓا إِذْ كُنْتُمْ قَلِيلًا فَكَثَّرَكُمْ ۖ وَانْظُرُوا كَيْفَ
كَانَ عَاقِبَةُ الْمُفْسِدِينَ ﴿٨٦﴾
وَإِنْ كَانَ طَآئِفَةٌ مِّنْكُمْ اٰمَنُوا بِالَّذِيٓ أُرْسِلْتُ
بِهٖ وَطَآئِفَةٌ لَّمْ يُؤْمِنُوا فَاصْبِرُوا حَتّٰى يَحْكُمَ اللّٰهُ
بَيْنَنَا ۚ وَهُوَ خَيْرُ الْحٰكِمِيْنَ ﴿٨٧﴾
قَالَ الْمَلَأُ الَّذِيْنَ اسْتَكْبَرُوا مِنْ قَوْمِهٖ لَنُخْرِجَنَّكَ
يٰشُعَيْبُ وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوا مَعَكَ مِنْ قَرْيَتِنَآ أَوْ لَتَعُوْدُنَّ
فِيْ مِلَّتِنَا ۚ قَالَ أَوَلَوْ كُنَّا كٰرِهِيْنَ ﴿٨٨﴾
قَدِ افْتَرَيْنَا عَلَى اللّٰهِ كَذِبًا إِنْ عُدْنَا فِيْ مِلَّتِكُمْ بَعْدَ
إِذْ نَجّٰىنَا اللّٰهُ مِنْهَا ۚ وَمَا يَكُوْنُ لَنَآ أَنْ نَّعُوْدَ فِيْهَآ
إِلَّآ أَنْ يَّشَآءَ اللّٰهُ رَبُّنَا ۚ وَسِعَ رَبُّنَا كُلَّ شَيْءٍ عِلْمًا ۚ
عَلَى اللّٰهِ تَوَكَّلْنَا ۚ رَبَّنَا افْتَحْ بَيْنَنَا وَبَيْنَ قَوْمِنَا
بِالْحَقِّ وَأَنْتَ خَيْرُ الْفٰتِحِيْنَ ﴿٨٩﴾
وَقَالَ الْمَلَأُ الَّذِيْنَ كَفَرُوا مِنْ قَوْمِهٖ لَئِنِ اتَّبَعْتُمْ
شُعَيْبًا إِنَّكُمْ إِذًا لَّخٰسِرُوْنَ ﴿٩٠﴾
فَأَخَذَتْهُمُ الرَّجْفَةُ فَأَصْبَحُوا فِيْ دَارِهِمْ جٰثِمِيْنَ ﴿٩١﴾
الَّذِيْنَ كَذَّبُوا شُعَيْبًا كَأَنْ لَّمْ يَغْنَوْا فِيْهَا ۚ الَّذِيْنَ كَذَّبُوا
شُعَيْبًا كَانُوا هُمُ الْخٰسِرِيْنَ ﴿٩٢﴾
فَتَوَلّٰى عَنْهُمْ وَقَالَ يٰقَوْمِ لَقَدْ أَبْلَغْتُكُمْ رِسٰلٰتِ رَبِّيْ
وَنَصَحْتُ لَكُمْ ۚ فَكَيْفَ اٰسٰى عَلٰى قَوْمٍ كٰفِرِيْنَ ﴿٩٣﴾
وَمَآ أَرْسَلْنَا فِيْ قَرْيَةٍ مِّنْ نَّبِيٍّ إِلَّآ أَخَذْنَآ أَهْلَهَا
بِالْبَأْسَآءِ وَالضَّرَّآءِ لَعَلَّهُمْ يَضَّرَّعُوْنَ ﴿٩٤﴾

93. tiuj, kiuj kulpigis Ŝu'ajbon pri mensogo fariĝis, kvazaŭ ili neniam estus loĝintaj tie – tiuj, kiuj kulpigis Ŝu'ajbon –, ili estis el la perdantoj.

94. Tiam li turnis sin for de ili kaj diris: "Ho mia popolo, vere mi portis al vi la senditaĵon de mia Sinjoro kaj donis al vi sinceran konsilon. Kiel mi afliktiĝus pro popolo miskredanta? ".

95. Kiam Ni sendis profeton al iu urbo, Ni ĉiam frapis ĝiajn loĝantojn per malfeliĉo kaj ĉagreno, por ke ili humiliĝu.

96. Poste Ni aliigis la malbonan en bonan kondiĉon, ĝis ili plimultiĝis kaj diris: "Vere ankaŭ niaj prapatroj suferis malĝojon kaj ĝojon". Poste Ni ekkaptis ilin neatendite, kaj ili tion ne rimarkis.

97. Se la gentoj de tiuj urboj estus kredintaj kaj estintaj justaj, vere Ni estus malfermintaj por ili la benon de la ĉielo kaj de la tero, sed ili rifuzis, kaj pro ilia peko Ni ekkaptis ilin.

98. Ĉu estis certaj la gentoj de tiuj urboj, ke ne falos sur ilin Nia puno nokte, dum ili dormas?

99. Aŭ ĉu estis certaj la gentoj de tiuj urboj, ke ne falos sur ilin Nia puno matene, dum ili amuziĝas?

100. Ĉu ili estas sekuraj kontraŭ la dekreto de Allah? Neniu povas kredi sin sekura kontraŭ la dekreto de Allah, krom la popolo de la perdontoj.

101. Ĉu ne iĝis evidente por tiuj, kiuj heredis la landon post aliaj antaŭaj loĝantoj, ke, se Ni volus, Ni povus trafi ilin pro iliaj pekoj kaj sigeli iliajn korojn, ĉar ili ne komprenas?

ثُمَّ بَدَّلْنَا مَكَانَ السَّيِّئَةِ الْحَسَنَةَ حَتَّىٰ عَفَوا وَّقَالُوا
قَدْ مَسَّ آبَاءَنَا الضَّرَّاءُ وَالسَّرَّاءُ فَأَخَذْنَاهُم بَغْتَةً
وَهُمْ لَا يَشْعُرُونَ ﴿٩٦﴾
وَلَوْ أَنَّ أَهْلَ الْقُرَىٰ آمَنُوا وَاتَّقَوْا لَفَتَحْنَا عَلَيْهِم
بَرَكَاتٍ مِّنَ السَّمَاءِ وَالْأَرْضِ وَلَٰكِن كَذَّبُوا فَأَخَذْنَاهُم
بِمَا كَانُوا يَكْسِبُونَ ﴿٩٧﴾
أَفَأَمِنَ أَهْلُ الْقُرَىٰ أَن يَأْتِيَهُم بَأْسُنَا بَيَاتًا وَهُمْ نَائِمُونَ ﴿٩٨﴾
أَوَأَمِنَ أَهْلُ الْقُرَىٰ أَن يَأْتِيَهُم بَأْسُنَا ضُحًى وَهُمْ يَلْعَبُونَ ﴿٩٩﴾
أَفَأَمِنُوا مَكْرَ اللَّهِ ۚ فَلَا يَأْمَنُ مَكْرَ اللَّهِ إِلَّا الْقَوْمُ
الْخَاسِرُونَ ﴿١٠٠﴾ ع
أَوَلَمْ يَهْدِ لِلَّذِينَ يَرِثُونَ الْأَرْضَ مِن بَعْدِ أَهْلِهَا
أَن لَّوْ نَشَاءُ أَصَبْنَاهُم بِذُنُوبِهِمْ ۚ وَنَطْبَعُ عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ
فَهُمْ لَا يَسْمَعُونَ ﴿١٠١﴾
تِلْكَ الْقُرَىٰ نَقُصُّ عَلَيْكَ مِنْ أَنبَائِهَا ۚ وَلَقَدْ
جَاءَتْهُمْ رُسُلُهُم بِالْبَيِّنَاتِ فَمَا كَانُوا لِيُؤْمِنُوا بِمَا
كَذَّبُوا مِن قَبْلُ ۚ كَذَٰلِكَ يَطْبَعُ اللَّهُ عَلَىٰ قُلُوبِ
الْكَافِرِينَ ﴿١٠٢﴾
وَمَا وَجَدْنَا لِأَكْثَرِهِم مِّنْ عَهْدٍ ۖ وَإِن وَجَدْنَا
أَكْثَرَهُمْ لَفَاسِقِينَ ﴿١٠٣﴾
ثُمَّ بَعَثْنَا مِن بَعْدِهِم مُّوسَىٰ بِآيَاتِنَا إِلَىٰ فِرْعَوْنَ
وَمَلَئِهِ فَظَلَمُوا بِهَا ۖ فَانظُرْ كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ
الْمُفْسِدِينَ ﴿١٠٤﴾

102. Tiuj estis la urboj, pri kiuj Ni donis al vi novaĵojn, kaj al ili jam venis iliaj senditoj kun signoj evidentaj. Nur, ili ne volis kredi je tio, kion ili antaŭe rifuzis. Tiel Allah sigelas la korojn de la miskredantoj.

103. Ĉe la plej multaj el ili Ni ne trovis respekton de la alianco; male la plej multajn el ili ni trovis malpieguloj.

104. Poste, post ili, Ni sendis Moseon kun Niaj signoj al Faraono kaj al liaj estroj, sed ili malbonfaris kontraŭ ili. Rigardu do, kiel finiĝis la malpacemuloj!

105. Moseo diris: "Ho Faraono! Vere mi estas sendito de la Sinjoro de l' Universo!

106. Konvenas al mi ne diri ion alian pri Allah, ol la veron. Vere mi venis al vi kun evidentaj signoj de via Sinjoro. Lasu do la idojn de Izrael foriri kun mi".

107. Li respondis: "Se vi venis kun signoj evidentaj, tiam montru ilin, se vi estas verama".

108. Li do ĵetis sian vergon kaj jen! Ĝi evidente estis serpento.

109. Poste li eltiris sian manon kaj jen! Ĝi estis blanka por la rigardantoj.

110. Diris la estroj de la popolo de Faraono: "Vere, ĉi tiu estas lerta sorĉisto!

111. Li volas elirigi vin el via lando. Kion vi intencas fari? ".

112. Ili diris: "Lasu lin kaj lian fraton atendi, kaj sendu invitantojn al la urboj,

113. por ke ili konduku al vi ĉiujn lertajn sorĉistojn".

وَقَالَ مُوسٰى يٰفِرْعَوْنُ إِنِّي رَسُولٌ مِّنْ رَّبِّ الْعٰلَمِينَ ﴿١٠٥﴾
حَقِيقٌ عَلٰٓى أَنْ لَّآ أَقُولَ عَلَى اللّٰهِ إِلَّا الْحَقَّ ۚ قَدْ جِئْتُكُمْ
بِبَيِّنَةٍ مِّنْ رَّبِّكُمْ فَأَرْسِلْ مَعِيَ بَنِيٓ إِسْرَآءِيلَ ﴿١٠٦﴾
قَالَ إِنْ كُنْتَ جِئْتَ بِآيَةٍ فَأْتِ بِهَآ إِنْ كُنْتَ مِنَ
الصّٰدِقِينَ ﴿١٠٧﴾
فَأَلْقٰى عَصَاهُ فَإِذَا هِيَ ثُعْبَانٌ مُّبِينٌ ﴿١٠٨﴾
ع ١٣ وَّنَزَعَ يَدَهُ فَإِذَا هِيَ بَيْضَآءُ لِلنّٰظِرِينَ ﴿١٠٩﴾
قَالَ الْمَلَأُ مِنْ قَوْمِ فِرْعَوْنَ إِنَّ هٰذَا لَسٰحِرٌ عَلِيمٌ ﴿١١٠﴾
يُّرِيدُ أَنْ يُّخْرِجَكُمْ مِّنْ أَرْضِكُمْ ۚ فَمَاذَا تَأْمُرُونَ ﴿١١١﴾
قَالُوٓا أَرْجِهْ وَأَخَاهُ وَأَرْسِلْ فِي الْمَدَآئِنِ حٰشِرِينَ ﴿١١٢﴾
يَأْتُوكَ بِكُلِّ سٰحِرٍ عَلِيمٍ ﴿١١٣﴾
وَجَآءَ السَّحَرَةُ فِرْعَوْنَ قَالُوٓا إِنَّ لَنَا لَأَجْرًا إِنْ
كُنَّا نَحْنُ الْغٰلِبِينَ ﴿١١٤﴾
قَالَ نَعَمْ وَإِنَّكُمْ لَمِنَ الْمُقَرَّبِينَ ﴿١١٥﴾
قَالُوا يٰمُوسٰىٓ إِمَّآ أَنْ تُلْقِيَ وَإِمَّآ أَنْ نَّكُونَ نَحْنُ
الْمُلْقِينَ ﴿١١٦﴾
قَالَ أَلْقُوا ۚ فَلَمَّآ أَلْقَوْا سَحَرُوٓا أَعْيُنَ النَّاسِ
وَاسْتَرْهَبُوهُمْ وَجَآءُو بِسِحْرٍ عَظِيمٍ ﴿١١٧﴾
وَأَوْحَيْنَآ إِلٰى مُوسٰىٓ أَنْ أَلْقِ عَصَاكَ ۚ فَإِذَا هِيَ
تَلْقَفُ مَا يَأْفِكُونَ ﴿١١٨﴾
فَوَقَعَ الْحَقُّ وَبَطَلَ مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١١٩﴾
فَغُلِبُوا هُنَالِكَ وَانْقَلَبُوا صٰغِرِينَ ﴿١٢٠﴾

114. Venis al Faraono la sorĉistoj kaj ili diris: "Cu certe ni ricevos rekompencon, se ni venkos? ".

115. Li respondis: "Jes! Kaj vi estos tiam certe la plej proksimaj al mi".

116. Ili diris: "Ho Moseo! Aŭ vi ĵetu, aŭ ni ĵetos unue! ".

117. Li respondis: "Ĵetu vi! " kaj, kiam ili ĵetis, ili ensorĉis la okulojn de la popolo kaj timigis ilin kaj estigis grandan magion.

118. Kaj Ni revelaciis al Moseo: "Ĵetu vi vian vergon! ", kaj jen! Ĝi englutis ĉion, kion ili estis ensorĉintaj.

119. Tiel la vero estis starigita, kaj iliaj verkoj estis montritaj vanaj.

120. Tiuj estis venkitaj kaj ili reiris hontemaj.

121. Kaj la sorĉistoj estis kvazaŭ devigitaj terenkuŝiĝi.

122. Ili diris: "Ni kredas je la Sinjoro de l' Universo,

123. la Sinjoro de Moseo kaj de Aaron! ".

124. Diris Faraono: "Vi kredis, antaŭ ol ni tion permesis al vi. Vere tiu estas konspiro, kiun vi elpensis en la urbo, por eligi ĝiajn loĝantojn; tamen vi baldaŭ lernos.

125. Pro via malobeo mi ordonos fortranĉi viajn manojn kaj piedojn, poste mi igos krucumi vin".

126. Ili diris: "Vere ni tiam reiros al nia Sinjoro.

127. Vi nur venĝas kontraŭ ni, ĉar ni kredis je la signoj de nia Sinjoro, kiam ili venis al ni. Nia Sinjoro, verŝu persistemon sur nin kaj igu nin morti kiel submetiĝintoj".

وَأُلْقِيَ السَّحَرَةُ سَاجِدِينَ ﴿١٢٠﴾
قَالُوا آمَنَّا بِرَبِّ الْعَالَمِينَ ﴿١٢١﴾
رَبِّ مُوسَىٰ وَهَارُونَ ﴿١٢٢﴾
قَالَ فِرْعَوْنُ آمَنتُم بِهِ قَبْلَ أَنْ آذَنَ لَكُمْ ۖ إِنَّ
هَٰذَا لَمَكْرٌ مَّكَرْتُمُوهُ فِي الْمَدِينَةِ لِتُخْرِجُوا مِنْهَا
أَهْلَهَا ۖ فَسَوْفَ تَعْلَمُونَ ﴿١٢٣﴾
لَأُقَطِّعَنَّ أَيْدِيَكُمْ وَأَرْجُلَكُم مِّنْ خِلَافٍ ثُمَّ لَأُصَلِّبَنَّكُمْ
أَجْمَعِينَ ﴿١٢٤﴾
قَالُوا إِنَّا إِلَىٰ رَبِّنَا مُنقَلِبُونَ ﴿١٢٥﴾
وَمَا تَنقِمُ مِنَّا إِلَّا أَنْ آمَنَّا بِآيَاتِ رَبِّنَا لَمَّا جَاءَتْنَا ۚ
رَبَّنَا أَفْرِغْ عَلَيْنَا صَبْرًا وَتَوَفَّنَا مُسْلِمِينَ ﴿١٢٦﴾
وَقَالَ الْمَلَأُ مِن قَوْمِ فِرْعَوْنَ أَتَذَرُ مُوسَىٰ وَقَوْمَهُ
لِيُفْسِدُوا فِي الْأَرْضِ وَيَذَرَكَ وَآلِهَتَكَ ۚ قَالَ
سَنُقَتِّلُ أَبْنَاءَهُمْ وَنَسْتَحْيِي نِسَاءَهُمْ وَإِنَّا فَوْقَهُمْ
قَاهِرُونَ ﴿١٢٧﴾
قَالَ مُوسَىٰ لِقَوْمِهِ اسْتَعِينُوا بِاللَّهِ وَاصْبِرُوا ۖ إِنَّ
الْأَرْضَ لِلَّهِ يُورِثُهَا مَن يَشَاءُ مِنْ عِبَادِهِ ۖ وَ
الْعَاقِبَةُ لِلْمُتَّقِينَ ﴿١٢٨﴾
قَالُوا أُوذِينَا مِن قَبْلِ أَن تَأْتِيَنَا وَمِن بَعْدِ مَا
جِئْتَنَا ۚ قَالَ عَسَىٰ رَبُّكُمْ أَن يُهْلِكَ عَدُوَّكُمْ وَ
يَسْتَخْلِفَكُمْ فِي الْأَرْضِ فَيَنظُرَ كَيْفَ تَعْمَلُونَ ﴿١٢٩﴾
وَلَقَدْ أَخَذْنَا آلَ فِرْعَوْنَ بِالسِّنِينَ وَنَقْصٍ مِّنَ

128. Diris la estroj de la popolo de Faraono: "Ĉu vi toleros, ke Moseo kaj lia popolo estigu malpacon en la lando, kaj forlasu vin kaj viajn Diojn? ". Li respondis: "Ni volas mortigi iliajn filojn kaj kapti iliajn virinojn. Certe ni havas povon super ili".

129. Moseo diris al sia popolo: "Serĉu helpon ĉe Allah kaj estu persistemaj. Vere la tero estas de Allah. Li heredigas ĝin, al kiu Li volas el Siaj servantoj, kaj la eliro estas por la justuloj".

130. Ili diris: "Ni suferis persekuton, antaŭ ol vi venis al ni, kaj post via alveno". Li diris: "Via Sinjoro baldaŭ neniigos vian malamikon kaj Li faros vin regantoj en la lando por vidi, kiel vi kondutas".

131. Vere Ni trafis la popolon de Faraono per malsatego kaj malabundo de fruktoj, por ke ili estu admonitaj.

132. Tamen, kiam venis al ili la abundo, ili diris: "Tio estas por ni", kaj kiam trafis ilin malfeliĉo, ili atribuis ĝin al Moseo kaj al tiuj, kiuj estis kun li; tamen, ĉu la kaŭzo de ilia malfeliĉo ne estis apud Allah? Tamen la plej multaj el ili ne scias tion.

133. Ili diris: "Ne gravas, kiun ajn signon vi portas por konverti nin, ni ne kredos al vi".

134. Tiam Ni sendis al ili uraganon kaj akridojn kaj pedikojn kaj ranojn kaj sangon – signojn evidentajn – sed ili fieriĝis kaj fariĝis popolo pekema.

135. Kiam falis sur ilin la puno, ili tamen diris: "Ho Moseo! Petu por ni vian Sinjoron laŭ Lia promeso al vi; se vi forigos la punon for de ni, ni certe kredos al vi, kaj ni lasos la idojn de Izrael foriri kun vi".

136. Kiam Ni tamen forprenis de ili la punon por kelke da tempo, kiun ili devis plenumi, jen! Ili rompis sian promeson.

الثَّمَرٰتِ لَعَلَّهُمْ يَذَّكَّرُوْنَ ﴿١٣١﴾
فَاِذَا جَآءَتْهُمُ الْحَسَنَةُ قَالُوْا لَنَا هٰذِهٖ ۚ وَاِنْ تُصِبْهُمْ
سَيِّئَةٌ يَّطَّيَّرُوْا بِمُوْسٰى وَمَنْ مَّعَهٗ ؕ اَلَآ اِنَّمَا
طٰٓئِرُهُمْ عِنْدَ اللّٰهِ وَلٰكِنَّ اَكْثَرَهُمْ لَا يَعْلَمُوْنَ ﴿١٣٢﴾
وَقَالُوْا مَهْمَا تَاْتِنَا بِهٖ مِنْ اٰيَةٍ لِّتَسْحَرَنَا بِهَا ۙ
فَمَا نَحْنُ لَكَ بِمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٣٣﴾
فَاَرْسَلْنَا عَلَيْهِمُ الطُّوْفَانَ وَالْجَرَادَ وَالْقُمَّلَ
وَالضَّفَادِعَ وَالدَّمَ اٰيٰتٍ مُّفَصَّلٰتٍ ۟ فَاسْتَكْبَرُوْا
وَكَانُوْا قَوْمًا مُّجْرِمِيْنَ ﴿١٣٤﴾
وَلَمَّا وَقَعَ عَلَيْهِمُ الرِّجْزُ قَالُوْا يٰمُوْسَى ادْعُ لَنَا رَبَّكَ
بِمَا عَهِدَ عِنْدَكَ ۚ لَئِنْ كَشَفْتَ عَنَّا الرِّجْزَ لَنُؤْمِنَنَّ
لَكَ وَلَنُرْسِلَنَّ مَعَكَ بَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ ﴿١٣٥﴾
فَلَمَّا كَشَفْنَا عَنْهُمُ الرِّجْزَ اِلٰٓى اَجَلٍ هُمْ بٰلِغُوْهُ
اِذَا هُمْ يَنْكُثُوْنَ ﴿١٣٦﴾
فَانْتَقَمْنَا مِنْهُمْ فَاَغْرَقْنٰهُمْ فِي الْيَمِّ بِاَنَّهُمْ كَذَّبُوْا
بِاٰيٰتِنَا وَكَانُوْا عَنْهَا غٰفِلِيْنَ ﴿١٣٧﴾
وَاَوْرَثْنَا الْقَوْمَ الَّذِيْنَ كَانُوْا يُسْتَضْعَفُوْنَ مَشَارِقَ
الْاَرْضِ وَمَغَارِبَهَا الَّتِيْ بٰرَكْنَا فِيْهَا ؕ وَتَمَّتْ
كَلِمَتُ رَبِّكَ الْحُسْنٰى عَلٰى بَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ ۙ۬ بِمَا صَبَرُوْا ؕ
وَدَمَّرْنَا مَا كَانَ يَصْنَعُ فِرْعَوْنُ وَقَوْمُهٗ وَمَا كَانُوْا
يَعْرِشُوْنَ ﴿١٣٨﴾
وَجٰوَزْنَا بِبَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ الْبَحْرَ فَاَتَوْا عَلٰى قَوْمٍ

137. Tiam Ni punis ilin kaj dronigis ilin en la maron, ĉar ili rifuzis Niajn signojn kaj ignoris ilin.

138. Ni donis al la popolo*, kiu estis rigardata kiel malforta, la orientan parton de la lando** kiel heredaĵon, kaj la okcidentan parton same, kiujn Ni jam benis. Tiel plenumiĝis la gracoplena vorto de via Sinjoro por la idoj de Izrael, ĉar ili estis persistemaj; kaj Ni detruis ĉion, kion Faraono kaj lia popolo estis farintaj, kaj kion ili starigis.

139. Ni kondukis la idojn de Izrael trans la maron, kaj ili venis al iu popolo, kiu estis dediĉita al siaj idoloj. Ili diris: "Ho Moseo! Faru por ni Dion, kiel tiuj havas Diojn". Li respondis: "Vere vi estas popolo nescia.

140. Vere tio, en kio ili troviĝas, detruiĝos, kaj tio, kion ili faras, estas vana".

141. Li diris: "Ĉu mi serĉu por vi alian Dion ol Allahon? Li tamen plialtigis vin super ĉiuj nacioj".

142. Memoru, kiam Ni liberigis vin de la popolo de Faraono, kiu vin suferigis per la plej grava turmento, kiu mortigis viajn filojn, kaj kaptis viajn virinojn. En tio estis grava elprovo de via Sinjoro.

143. Poste Ni konsentis al Moseo tridek noktojn kaj kompletigis ilin per pluaj dek. Tiel plenumiĝis la limtempo de lia Sinjoro: kvardek noktoj. Kaj diris Moseo al sia frato Aaron: "Anstataŭu min ĉe mia popolo, kaj gvidu ilin, kaj ne sekvu la vojon de la malpacemuloj".

144. Kiam Moseo venis al la renkontiĝo kun Ni, kaj lia Sinjoro parolis al li, li diris: "Mia Sinjoro, montru Vin al mi, por ke mi povu

* de Moseo
** Palestinon

يَعْكُفُونَ عَلَىٰٓ أَصْنَامٍ لَّهُمْ ۚ قَالُوا۟ يَٰمُوسَى ٱجْعَل
لَّنَآ إِلَٰهًا كَمَا لَهُمْ ءَالِهَةٌ ۚ قَالَ إِنَّكُمْ قَوْمٌ تَجْهَلُونَ ﴿١٣٩﴾
إِنَّ هَٰٓؤُلَآءِ مُتَبَّرٌ مَّا هُمْ فِيهِ وَبَٰطِلٌ مَّا كَانُوا۟
يَعْمَلُونَ ﴿١٤٠﴾
قَالَ أَغَيْرَ ٱللَّهِ أَبْغِيكُمْ إِلَٰهًا وَهُوَ فَضَّلَكُمْ عَلَى
ٱلْعَٰلَمِينَ ﴿١٤١﴾
وَإِذْ أَنجَيْنَٰكُم مِّنْ ءَالِ فِرْعَوْنَ يَسُومُونَكُمْ سُوٓءَ
ٱلْعَذَابِ ۖ يُقَتِّلُونَ أَبْنَآءَكُمْ وَيَسْتَحْيُونَ نِسَآءَكُمْ ۚ
ع وَفِى ذَٰلِكُم بَلَآءٌ مِّن رَّبِّكُمْ عَظِيمٌ ﴿١٤٢﴾
وَوَٰعَدْنَا مُوسَىٰ ثَلَٰثِينَ لَيْلَةً وَأَتْمَمْنَٰهَا بِعَشْرٍ
فَتَمَّ مِيقَٰتُ رَبِّهِۦٓ أَرْبَعِينَ لَيْلَةً ۚ وَقَالَ مُوسَىٰ
لِأَخِيهِ هَٰرُونَ ٱخْلُفْنِى فِى قَوْمِى وَأَصْلِحْ وَلَا تَتَّبِعْ
سَبِيلَ ٱلْمُفْسِدِينَ ﴿١٤٣﴾
وَلَمَّا جَآءَ مُوسَىٰ لِمِيقَٰتِنَا وَكَلَّمَهُۥ رَبُّهُۥ قَالَ رَبِّ
أَرِنِىٓ أَنظُرْ إِلَيْكَ ۚ قَالَ لَن تَرَىٰنِى وَلَٰكِنِ ٱنظُرْ
إِلَى ٱلْجَبَلِ فَإِنِ ٱسْتَقَرَّ مَكَانَهُۥ فَسَوْفَ تَرَىٰنِى ۚ فَلَمَّا
تَجَلَّىٰ رَبُّهُۥ لِلْجَبَلِ جَعَلَهُۥ دَكًّا وَخَرَّ مُوسَىٰ صَعِقًا ۚ
فَلَمَّآ أَفَاقَ قَالَ سُبْحَٰنَكَ تُبْتُ إِلَيْكَ وَأَنَا۠ أَوَّلُ
ٱلْمُؤْمِنِينَ ﴿١٤٤﴾
قَالَ يَٰمُوسَىٰٓ إِنِّى ٱصْطَفَيْتُكَ عَلَى ٱلنَّاسِ بِرِسَٰلَٰتِى
وَبِكَلَٰمِى فَخُذْ مَآ ءَاتَيْتُكَ وَكُن مِّنَ ٱلشَّٰكِرِينَ ﴿١٤٥﴾
وَكَتَبْنَا لَهُۥ فِى ٱلْأَلْوَاحِ مِن كُلِّ شَىْءٍ مَّوْعِظَةً وَتَفْصِيلًا

rigardi Vin". Li respondis: "Neniam vi vidos Min, sed rigardu la monton: se ĝi restos senmova, kie ĝi estas, vi vidos Min". Kaj kiam lia Sinjoro Sin revelaciis sur la monto, Li disrompis ĝin kaj Moseo falis teren, svenante. Kiam li vekiĝis, li diris: "Sankta estas Vi! Mi konvertiĝas al Vi kaj mi estas la unua kredanto! ".

145. Li diris: "Ho Moseo! Vere Mi elektis vin inter la homoj per Mia sendaĵo kaj Mia vorto. Prenu do, kion Mi donis al vi, kaj estu danka".

146. Kaj Ni skribis sur la tabuloj pri ĉiuj aferoj – admonon kaj klarigon de ĉiuj aferoj: "Tiel tenu ilin firme, kaj ordonu al via popolo akcepti la plej bonan parton de ili. Baldaŭ Mi montros al vi la estontan loĝejon de la malpieguloj".

147. Mi tamen volas deklini de Miaj revelacioj la maljustajn fierulojn de la lando; eĉ se ili vidus ĉiujn signojn, ili ne kredus je ili; kaj eĉ se ili vidus la vojon de la justeco, ili ne akceptus ĝin kiel sian vojon; se ili tamen vidas la vojon de la erarado, ili akceptas ĝin kiel sian vojon. Tio estas, ĉar ili rifuzis Niajn signojn kaj kutimis ignori ilin.

148. La verkoj de tiuj, kiuj rifuzas Niajn signojn kaj negas la reŋkonton de la vivo venonta, estos vanaj. Ĉu ili povas esti rekompencitaj pro io alia ol pro siaj agoj?

149. La popolo de Moseo faris dum lia foresto el siaj ornamaĵoj blekantan bovidon – bildon. Ĉu ili ne vidis, ke ĝi vere ne kapablas paroli al ili, aŭ gvidi ilin al iu ajn vojo? Ili prenis ĝin kaj fariĝis pekuloj.

150. Kiam ili pentis kaj komprenis, ke ili eraris, ili diris: "Se nia Sinjoro ne havus kompaton al ni kaj ne pardonus al ni, ni estus perdantoj".

لِّكُلِّ شَيْءٍ ۚ فَخُذْهَا بِقُوَّةٍ وَأْمُرْ قَوْمَكَ يَأْخُذُوا بِأَحْسَنِهَا ۚ
سَأُورِيكُمْ دَارَ الْفَاسِقِينَ ﴿١٤٦﴾
سَأَصْرِفُ عَنْ آيَاتِيَ الَّذِينَ يَتَكَبَّرُونَ فِي الْأَرْضِ
بِغَيْرِ الْحَقِّ وَإِن يَرَوْا كُلَّ آيَةٍ لَّا يُؤْمِنُوا بِهَا وَإِن
يَرَوْا سَبِيلَ الرُّشْدِ لَا يَتَّخِذُوهُ سَبِيلًا وَإِن يَرَوْا
سَبِيلَ الْغَيِّ يَتَّخِذُوهُ سَبِيلًا ۚ ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمْ كَذَّبُوا
بِآيَاتِنَا وَكَانُوا عَنْهَا غَافِلِينَ ﴿١٤٧﴾
وَالَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيَاتِنَا وَلِقَاءِ الْآخِرَةِ حَبِطَتْ أَعْمَالُهُمْ ۚ
هَلْ يُجْزَوْنَ إِلَّا مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١٤٨﴾ ع
وَاتَّخَذَ قَوْمُ مُوسَىٰ مِن بَعْدِهِ مِنْ حُلِيِّهِمْ عِجْلًا
جَسَدًا لَّهُ خُوَارٌ ۚ أَلَمْ يَرَوْا أَنَّهُ لَا يُكَلِّمُهُمْ وَلَا
يَهْدِيهِمْ سَبِيلًا ۘ اتَّخَذُوهُ وَكَانُوا ظَالِمِينَ ﴿١٤٩﴾
وَلَمَّا سُقِطَ فِي أَيْدِيهِمْ وَرَأَوْا أَنَّهُمْ قَدْ ضَلُّوا
قَالُوا لَئِن لَّمْ يَرْحَمْنَا رَبُّنَا وَيَغْفِرْ لَنَا لَنَكُونَنَّ مِنَ
الْخَاسِرِينَ ﴿١٥٠﴾
وَلَمَّا رَجَعَ مُوسَىٰ إِلَىٰ قَوْمِهِ غَضْبَانَ أَسِفًا قَالَ
بِئْسَمَا خَلَفْتُمُونِي مِن بَعْدِي ۖ أَعَجِلْتُمْ أَمْرَ رَبِّكُمْ ۖ
وَأَلْقَى الْأَلْوَاحَ وَأَخَذَ بِرَأْسِ أَخِيهِ يَجُرُّهُ إِلَيْهِ ۚ
قَالَ ابْنَ أُمَّ إِنَّ الْقَوْمَ اسْتَضْعَفُونِي وَكَادُوا
يَقْتُلُونَنِي فَلَا تُشْمِتْ بِيَ الْأَعْدَاءَ وَلَا تَجْعَلْنِي
مَعَ الْقَوْمِ الظَّالِمِينَ ﴿١٥١﴾
قَالَ رَبِّ اغْفِرْ لِي وَلِأَخِي وَأَدْخِلْنَا فِي رَحْمَتِكَ ۖ

151. Kiam Moseo revenis al sia popolo, kolera kaj indignanta, li diris: "Malbona estas tio, kion vi faris dum mia foresto. Ĉu vi volas akceli la verdikton de via Sinjoro? ". Kaj li ĵetis la tabulojn kaj prenis sian fraton je lia kapo kaj tiu ĉi diris: "Filo de mia patrino, vidu la popolon! Ili rigardis min kiel malfortan kaj preskaŭ ili mortigis min. Do ne lasu la malamikojn ĝojegi super mi, kaj ne aligu min al la popolo malbonfaranta".

152. Moseo diris: "Mia Sinjoro, pardonu al mi kaj al mia frato kaj konsentu al ni la aliron al Via graco, ĉar Vi estas la plej Pardonema el la Pardonemaj".

153. Tiujn, kiuj prenis la bovidon, atingos la kolero de ilia Sinjoro kaj honto en ĉi tiu vivo. Tiel Ni punas la mensogulojn.

154. Sed pri tiuj, kiuj faras malbonon kaj poste pentas pro tio kaj kredas, sciu: via Sinjoro estas la Senkulpigema, la Pardonema.

155. Kiam la kolero de Moseo kvietiĝis, li prenis la tabulojn kaj en ilia skribaĵo estis gvidilo kaj graco por tiuj, kiuj respektegas sian Sinjoron.

156. Tiam elektis Moseo el sia popolo sepdek virojn por la renkontiĝo kun Ni, sed kiam ilin ekkaptis tertremo, li diris: "Mia Sinjoro, se Vi volus, Vi povus neniigi ilin kaj ankaŭ min. Ĉu Vi volas neniigi min pro tio, kion faris la stultuloj inter ni? Vere tio nur estas elprovo venanta de Vi. Per ĝi Vi erarigas, kiun Vi volas, kaj Vi gvidas, kiun Vi volas. Vi estas nia Protektanto, do pardonu kaj havu kompaton al ni! Vi estas la plej bona el la Kompatemai.

157. Dekretu por ni bonon en ĉi tiu vivo kaj en la venonta. Ni vere turnis nin pente al vi". Li diris: "Mi trafas per Mia puno,

وَأَنتَ أَرْحَمُ الرَّاحِمِينَ ﴿١٥١﴾
إِنَّ الَّذِينَ اتَّخَذُوا الْعِجْلَ سَيَنَالُهُمْ غَضَبٌ مِّن رَّبِّهِمْ
وَذِلَّةٌ فِي الْحَيَاةِ الدُّنْيَا ۚ وَكَذَٰلِكَ نَجْزِي الْمُفْتَرِينَ ﴿١٥٢﴾
وَالَّذِينَ عَمِلُوا السَّيِّئَاتِ ثُمَّ تَابُوا مِن بَعْدِهَا وَ
آمَنُوا إِنَّ رَبَّكَ مِن بَعْدِهَا لَغَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿١٥٣﴾
وَلَمَّا سَكَتَ عَن مُّوسَى الْغَضَبُ أَخَذَ الْأَلْوَاحَ ۖ وَفِي
نُسْخَتِهَا هُدًى وَرَحْمَةٌ لِّلَّذِينَ هُمْ لِرَبِّهِمْ يَرْهَبُونَ ﴿١٥٤﴾
وَاخْتَارَ مُوسَىٰ قَوْمَهُ سَبْعِينَ رَجُلًا لِّمِيقَاتِنَا ۖ فَلَمَّا
أَخَذَتْهُمُ الرَّجْفَةُ قَالَ رَبِّ لَوْ شِئْتَ أَهْلَكْتَهُم مِّن
قَبْلُ وَإِيَّايَ ۖ أَتُهْلِكُنَا بِمَا فَعَلَ السُّفَهَاءُ مِنَّا ۖ
إِنْ هِيَ إِلَّا فِتْنَتُكَ تُضِلُّ بِهَا مَن تَشَاءُ وَتَهْدِي
مَن تَشَاءُ ۖ أَنتَ وَلِيُّنَا فَاغْفِرْ لَنَا وَارْحَمْنَا ۖ وَأَنتَ
خَيْرُ الْغَافِرِينَ ﴿١٥٥﴾
وَاكْتُبْ لَنَا فِي هَٰذِهِ الدُّنْيَا حَسَنَةً وَفِي الْآخِرَةِ
إِنَّا هُدْنَا إِلَيْكَ ۚ قَالَ عَذَابِي أُصِيبُ بِهِ مَنْ أَشَاءُ ۖ
وَرَحْمَتِي وَسِعَتْ كُلَّ شَيْءٍ ۚ فَسَأَكْتُبُهَا لِلَّذِينَ يَتَّقُونَ
وَيُؤْتُونَ الزَّكَاةَ وَالَّذِينَ هُم بِآيَاتِنَا يُؤْمِنُونَ ﴿١٥٦﴾
الَّذِينَ يَتَّبِعُونَ الرَّسُولَ النَّبِيَّ الْأُمِّيَّ الَّذِي يَجِدُونَهُ
مَكْتُوبًا عِندَهُمْ فِي التَّوْرَاةِ وَالْإِنجِيلِ يَأْمُرُهُم
بِالْمَعْرُوفِ وَيَنْهَاهُمْ عَنِ الْمُنكَرِ وَيُحِلُّ لَهُمُ الطَّيِّبَاتِ
وَيُحَرِّمُ عَلَيْهِمُ الْخَبَائِثَ وَيَضَعُ عَنْهُمْ إِصْرَهُمْ
وَالْأَغْلَالَ الَّتِي كَانَتْ عَلَيْهِمْ ۚ فَالَّذِينَ آمَنُوا بِهِ وَ

kiun Mi volas, sed Mia graco ĉirkaŭas ĉiujn aferojn. Mi do dekretos ĝin por tiuj, kiuj estas justuloj kaj disdonas almozojn, kaj por tiuj, kiuj kredas je Niaj signoj".

158. Por tiuj, kiuj sekvas la senditon, la profeton, kiu ne scipovas legi nek skribi, kiun ili trovas menciita apud si mem en la Torao kaj en la Evangelio – li ordonas al ili la justecon kaj malpermesas al ili la malbonon, kaj li permesas al ili la bonajn aĵojn, kaj li malpermesas al ili la malbonajn, kaj li forprenas de ili iliajn ŝarĝojn kaj iliajn ligilojn, kiuj estis sur ili – tiuj do, kiuj kredas al li kaj subtenas kaj helpas lin kaj sekvas la lumon, kiu estis sendita kune kun li, tiuj prosperos.

159. Diru: "Ho homoj! Vere mi estas sendita al vi ĉiuj de Allah, al kiu apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Aŭskultu! Ne ekzistas alia Dio ol Li. Li donas la vivon kaj la morton. Kredu do je Allah kaj al Lia sendito, la profeto, kiu ne scipovas legi nek skribi, kiu kredas je Allah kaj al Lia vorto, kaj sekvu lin, por ke vi estu gvidataj".

160. Inter la popolo de Moseo estas gento, kiu trovas la gvidadon pere de la vero kaj agas juste per ĝi.

161. Ni dividis ilin en dekdu tribojn, kaj Ni revelaciis al Moseo, kiam lia popolo postulis de li trinkaĵon: "Frapu la ŝtonon per via vergo", kaj el ĝi elfluis dekdu fontoj. Kaj ĉiu tribo konis tiam sian trinkejon. Kaj Ni ombrigis ilin per nuboj, kaj sendis al ili la manaon kaj la koturnojn: "Manĝu la bonajn aĵojn, kiujn Ni konsentis al vi". Kaj ili ne malutilis al Ni, sed al si mem.

162. Kiam estis dirite al ili: "Loĝu en ĉi tiu urbo kaj manĝu tiujn aĵojn – kie ajn vi volas – kaj petu kompaton, kaj eniru la pordon humile. Ni pardonos al vi. Vere Ni plimultigos la bonfarantojn";

عزروه ونصروه واتبعوا النور الذي أنزل معه
أولئك هم المفلحون ﴿١٥٨﴾
قل يا أيها الناس إني رسول الله إليكم جميعا الذي
له ملك السماوات والأرض لا إله إلا هو يحيي و
يميت فآمنوا بالله ورسوله النبي الأمي الذي
يؤمن بالله وكلماته واتبعوه لعلكم تهتدون ﴿١٥٩﴾
ومن قوم موسى أمة يهدون بالحق وبه يعدلون ﴿١٦٠﴾
وقطعناهم اثنتي عشرة أسباطا أمما وأوحينا
إلى موسى إذ استسقاه قومه أن اضرب بعصاك
الحجر فانبجست منه اثنتا عشرة عينا قد
علم كل أناس مشربهم وظللنا عليهم الغمام
وأنزلنا عليهم المن والسلوى كلوا من طيبات ما
رزقناكم وما ظلمونا ولكن كانوا أنفسهم
يظلمون ﴿١٦١﴾
وإذ قيل لهم اسكنوا هذه القرية وكلوا منها
حيث شئتم وقولوا حطة وادخلوا الباب سجدا
نغفر لكم خطيئاتكم سنزيد المحسنين ﴿١٦٢﴾
فبدل الذين ظلموا منهم قولا غير الذي قيل
لهم فأرسلنا عليهم رجزا من السماء بما كانوا
يظلمون ﴿١٦٣﴾
واسألهم عن القرية التي كانت حاضرة البحر
إذ يعدون في السبت إذ تأتيهم حيتانهم يوم

163. tiam la maljustuloj anstataŭigis la vorton, kiu estis dirita al ili, per alia. Tial Ni sendis sur ilin la juĝon el la ĉielo, ĉar ili malbonfaris.

164. Demandu ilin pri la urbo, kiu estis ĉe la marbordo, kiam ili profanis la sabaton; kiel la fiŝoj venis amase al ili en ilia sabato, tamen en la tago, en kiu ili ne solenigis la sabaton, ili ne venis. Tiel Ni elprovis ilin, ĉar ili estis malobeemaj.

165. Kiam gento inter ili diris: "Kial vi predikas al popolo, kiun Allah volas neniigi aŭ frapi per severa turmento? ", ili respondis: "Por senkulpigo antaŭ via Sinjoro, kaj por ke ili fariĝu justuloj".

166. Kiam ili forgesis tion, per kio ili estis admonitaj, Ni savis tiujn, kiuj malhelpis la malbonon, kaj Ni trafis la malbonfarantojn per dolora puno, ĉar ili estis malobeemaj.

167. Kiam ili persistis je tio, kio estis malpermesita, Ni diris al ili: "Estu simioj forpelindaj! ".

168. Kaj memoru, kiam via Sinjoro anoncis, ke Li volas sendi kontraŭ ili ĝis la tago de la reviviĝo iujn, kiuj suferigu ilin per severa turmento. Vere via Sinjoro estas rapida je l' juĝo, kaj vere Li estas senkulpigema, pardonema.

169. Ni dividis ilin sur la tero en gentojn. Inter ili estas justuloj kaj aliaj; kaj Ni provis ilin per bono kaj malbono, por ke ili revenu.

170. Sekvis ilin aliaj idaroj, kiuj heredis la Skribon; ili tamen prenas la propraĵojn de ĉi tiu mizera mondo, kaj diras: "Estos pardonite al ni". Tamen, kiam similaj propraĵoj denove venas al ili, ili denove prenas ilin. Ĉu ne estis konsentite kun ili pri la alianco

سبتهم شرعا ويوم لا يسبتون لا تأتيهم كذلك
نبلوهم بما كانوا يفسقون ﴿١٦٣﴾
وإذ قالت أمة منهم لم تعظون قوما الله
مهلكهم أو معذبهم عذابا شديدا قالوا
معذرة إلى ربكم ولعلهم يتقون ﴿١٦٤﴾
فلما نسوا ما ذكروا به أنجينا الذين ينهون عن
السوء وأخذنا الذين ظلموا بعذاب بئيس بما
كانوا يفسقون ﴿١٦٥﴾
فلما عتوا عن ما نهوا عنه قلنا لهم كونوا قردة
خاسئين ﴿١٦٦﴾
وإذ تأذن ربك ليبعثن عليهم إلى يوم القيامة
من يسومهم سوء العذاب إن ربك لسريع
العقاب وإنه لغفور رحيم ﴿١٦٧﴾
وقطعناهم في الأرض أمما منهم الصالحون ومنهم
دون ذلك وبلوناهم بالحسنات والسيئات لعلهم
يرجعون ﴿١٦٨﴾
فخلف من بعدهم خلف ورثوا الكتاب يأخذون
عرض هذا الأدنى ويقولون سيغفر لنا وإن
يأتهم عرض مثله يأخذوه ألم يؤخذ عليهم ميثاق
الكتاب أن لا يقولوا على الله إلا الحق ودرسوا ما
فيه والدار الآخرة خير للذين يتقون أفلا
تعقلون ﴿١٦٩﴾

de la Libro, ke ili nenion diru pri Allah ol la veron? Kaj ili legis tion, kio estas en ĝi. La loĝejo en la vivo venonta estos plej bona por la justuloj. Ĉu vi ne komprenas?

171. Pri tiuj, kiuj tenas sin al la Libro kaj levas la preĝon, sciu: vere Ni ne vanigos la rekompencon destinitan por la pacemuloj.

172. Kiam Ni skuis la monton super ili, kvazaŭ ĝi estus tendo, kaj ili kredis, ke ĝi falos sur ilin: "Tenu forte, kion Ni donis al vi, kaj memoru tion, kio estas en ĝi, por ke vi estu sekuraj! ".

173. Kiam via Sinjoro estigis el la idoj de Adam – el iliaj lumboj – ilian idaron, kaj faris ilin atestantoj kontraŭ si mem: "Ĉu Mi ne estas via Sinjoro? ", ili diris: "Certe, ni atestas tion! ". Tio estas, por ke vi en la tago de la reviviĝo ne diru: "Vere tion ni ne sciis",

174. aŭ por ke vi ne diru: "Vere estas nur niaj prapatroj, kiuj estis antaŭe idolanoj, sed ni estas sekvanta generacio. Ĉu vi volas neniigi nin pro tio, kion faris la mensoguloj? ".

175. Tiel Ni klarigas la signojn, por ke ili revenu.

176. Rakontu do al ili la historion de tiu, al kiu Ni donis Niajn signojn, kiu tamen preterglitis ilin; tiam Satano sekvis lin, kaj li estis unu el la erarantoj.

177. Se Ni estus volinta, Ni povus elekti lin per la signoj, sed li inklinis al la tero kaj sekvis sian malbonan instinkton. Li similas pro tio al hundo; se vi forpelas ĝin, ĝi eltiras sian langon, se vi ignoras ĝin, ĝi eltiras sian langon. Tiel estas pri la gentoj, kiuj rifuzas Niajn signojn. Donu tial al ili la klarigon, por ke ili resaĝiĝu.

وَالَّذِيْنَ يُمَسِّكُوْنَ بِالْكِتٰبِ وَاَقَامُوا الصَّلٰوةَ ۭ اِنَّا
لَا نُضِيْعُ اَجْرَ الْمُصْلِحِيْنَ ﴿١٧١﴾
وَاِذْ نَتَقْنَا الْجَبَلَ فَوْقَهُمْ كَاَنَّهٗ ظُلَّةٌ وَّظَنُّوْٓا اَنَّهٗ
وَاقِعٌ ۢ بِهِمْ ۚ خُذُوْا مَآ اٰتَيْنٰكُمْ بِقُوَّةٍ وَّاذْكُرُوْا مَا
فِيْهِ لَعَلَّكُمْ تَتَّقُوْنَ ﴿١٧٢﴾ ع
وَاِذْ اَخَذَ رَبُّكَ مِنْ بَنِيْٓ اٰدَمَ مِنْ ظُهُوْرِهِمْ ذُرِّيَّتَهُمْ
وَاَشْهَدَهُمْ عَلٰٓى اَنْفُسِهِمْ ۚ اَلَسْتُ بِرَبِّكُمْ ۭ قَالُوْا بَلٰى ۚ
شَهِدْنَا ۚ اَنْ تَقُوْلُوْا يَوْمَ الْقِيٰمَةِ اِنَّا كُنَّا عَنْ
هٰذَا غٰفِلِيْنَ ﴿١٧٣﴾
اَوْ تَقُوْلُوْٓا اِنَّمَآ اَشْرَكَ اٰبَاۗؤُنَا مِنْ قَبْلُ وَكُنَّا ذُرِّيَّةً
مِّنْ بَعْدِهِمْ ۚ اَفَتُهْلِكُنَا بِمَا فَعَلَ الْمُبْطِلُوْنَ ﴿١٧٤﴾
وَكَذٰلِكَ نُفَصِّلُ الْاٰيٰتِ وَلَعَلَّهُمْ يَرْجِعُوْنَ ﴿١٧٥﴾
وَاتْلُ عَلَيْهِمْ نَبَاَ الَّذِيْٓ اٰتَيْنٰهُ اٰيٰتِنَا فَانْسَلَخَ مِنْهَا
فَاَتْبَعَهُ الشَّيْطٰنُ فَكَانَ مِنَ الْغٰوِيْنَ ﴿١٧٦﴾
وَلَوْ شِئْنَا لَرَفَعْنٰهُ بِهَا وَلٰكِنَّهٗٓ اَخْلَدَ اِلَى الْاَرْضِ
وَاتَّبَعَ هَوٰىهُ ۚ فَمَثَلُهٗ كَمَثَلِ الْكَلْبِ ۚ اِنْ تَحْمِلْ عَلَيْهِ
يَلْهَثْ اَوْ تَتْرُكْهُ يَلْهَثْ ۭ ذٰلِكَ مَثَلُ الْقَوْمِ الَّذِيْنَ
كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا ۚ فَاقْصُصِ الْقَصَصَ لَعَلَّهُمْ يَتَفَكَّرُوْنَ ﴿١٧٧﴾
سَاۗءَ مَثَلَا ِۨ الْقَوْمُ الَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا وَاَنْفُسَهُمْ كَانُوْا
يَظْلِمُوْنَ ﴿١٧٨﴾
مَنْ يَّهْدِ اللّٰهُ فَهُوَ الْمُهْتَدِيْ ۚ وَمَنْ يُّضْلِلْ فَاُولٰۗىِٕكَ
هُمُ الْخٰسِرُوْنَ ﴿١٧٩﴾

178. Malbonege estas por tiuj, kiuj negas Niajn signojn; kontraŭ si mem ili pekas.

179. Tiu, kiun Allah gvidas, estas gvidata kaj tiu, kiun Li lasas eraradi, estas pereonta.

180. Vere Ni kreis por la infero multajn Ĝinnojn kaj homojn, kiuj havas korojn, kiuj ne komprenas, kaj okulojn, kiuj ne vidas, kaj orelojn, kiuj ne aŭdas. Ili estas kiel la brutaro: jen! Ili eĉ estas pli malproksimen erarintaj, ili vere estas senzorguloj.

181. Al Allah apartenas la plej belaj nomoj, do voku Lin per ili kaj turnu vin for de tiuj, kiuj uzas malvirte Liajn nomojn. Ili estos punitaj laŭ siaj agoj.

182. Inter tiuj, kiujn Ni kreis, estas gento, kiu agas laŭ la vero kaj tiel agas juste.

183. Tiujn, kiuj negis Niajn signojn, Ni puŝos al ilia ruiniĝo, tiel ke ili ne scias.

184. Mi konsentos al ili longdaŭran prokraston. Certe Mia plano estas grandega.

185. Ĉu ili ne pripensis, ke ilia samtribano ne estas posedata de la malbona spirito? Li nur estas klara admonanto.

186. Ĉu ili ne vidis la regnon de la ĉieloj kaj de la tero kaj ĉiujn aĵojn, kiujn Allah kreis, kaj ke baldaŭ finiĝos ilia vivo? Kion do ili volas poste kredi?

187. Ne estos gvidanto por tiu, kiun Allah erarigas; kaj ilin Li firmigas en ilia malpiegeco kaj ili vagadas kiel blinduloj.

188. Ili demandos vin pri la Horo, kiam ĝi alvenos. Diru: "Vere tion scias nur mia Sinjoro. Neniu povas sciigi tion ĝustatempe krom Li. Peze ĝi ŝarĝas la ĉielojn kaj la teron. Nur neatendite la Horo venos sur vin".

وَلَقَدْ ذَرَأْنَا لِجَهَنَّمَ كَثِيرًا مِّنَ الْجِنِّ وَالْإِنسِ ۖ
لَهُمْ قُلُوبٌ لَّا يَفْقَهُونَ بِهَا وَلَهُمْ أَعْيُنٌ لَّا يُبْصِرُونَ
بِهَا وَلَهُمْ آذَانٌ لَّا يَسْمَعُونَ بِهَا ۚ أُولَٰئِكَ كَالْأَنْعَامِ
بَلْ هُمْ أَضَلُّ ۚ أُولَٰئِكَ هُمُ الْغَافِلُونَ ﴿١٨٠﴾
وَلِلَّهِ الْأَسْمَاءُ الْحُسْنَىٰ فَادْعُوهُ بِهَا ۖ وَذَرُوا الَّذِينَ
يُلْحِدُونَ فِي أَسْمَائِهِ ۚ سَيُجْزَوْنَ مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١٨١﴾
٢٢ ع ١٠ ١٣ وَمِمَّنْ خَلَقْنَا أُمَّةٌ يَهْدُونَ بِالْحَقِّ وَبِهِ يَعْدِلُونَ ﴿١٨٢﴾
وَالَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيَاتِنَا سَنَسْتَدْرِجُهُم مِّنْ حَيْثُ لَا
يَعْلَمُونَ ﴿١٨٣﴾
وَأُمْلِي لَهُمْ ۚ إِنَّ كَيْدِي مَتِينٌ ﴿١٨٤﴾
أَوَلَمْ يَتَفَكَّرُوا ۗ مَا بِصَاحِبِهِم مِّن جِنَّةٍ ۚ إِنْ هُوَ إِلَّا
نَذِيرٌ مُّبِينٌ ﴿١٨٥﴾
أَوَلَمْ يَنظُرُوا فِي مَلَكُوتِ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَمَا
خَلَقَ اللَّهُ مِن شَيْءٍ وَأَنْ عَسَىٰ أَن يَكُونَ قَدِ اقْتَرَبَ
أَجَلُهُمْ ۖ فَبِأَيِّ حَدِيثٍ بَعْدَهُ يُؤْمِنُونَ ﴿١٨٦﴾
مَن يُضْلِلِ اللَّهُ فَلَا هَادِيَ لَهُ ۚ وَيَذَرُهُمْ فِي طُغْيَانِهِمْ
يَعْمَهُونَ ﴿١٨٧﴾
يَسْأَلُونَكَ عَنِ السَّاعَةِ أَيَّانَ مُرْسَاهَا ۖ قُلْ إِنَّمَا عِلْمُهَا
عِندَ رَبِّي ۖ لَا يُجَلِّيهَا لِوَقْتِهَا إِلَّا هُوَ ۚ ثَقُلَتْ فِي
السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۚ لَا تَأْتِيكُمْ إِلَّا بَغْتَةً ۗ يَسْأَلُونَكَ
كَأَنَّكَ حَفِيٌّ عَنْهَا ۖ قُلْ إِنَّمَا عِلْمُهَا عِندَ اللَّهِ وَلَٰكِنَّ
أَكْثَرَ النَّاسِ لَا يَعْلَمُونَ ﴿١٨٨﴾

Ili demandos vin (ho sendito), ĉu vi estas scivola pri ili. Diru: "Tion scias nur Allah, sed la plej multaj el la homoj ne scias".

189. Diru: "Mi ne havas povon utili aŭ malutili al mi mem, krom laŭ la volo de Allah, kaj, se mi konus la sekretojn, mi certigus al mi la uzon de la bonaj aĵoj, kaj min ne estus atinginta ia ajn malbono. Mi nur estas admonanto kaj portanto de la bona novaĵo por popolo kredanta.

190. Estas Li Tiu, kiu kreis vin el unu homo, kaj el li formis lian edzinon, por ke li posedu ŝin. Kiam tio okazis, ŝi portis malgrandan ŝarĝon kaj povis iri kun ĝi. Kiam ŝi fariĝis peza, ambaŭ preĝis al Allah, sia Sinjoro: "Se vi donos al ni bonan idon, ni vere estos dankaj".

191. Kiam Li donis al ili bonan idon, ili atribuis la ricevitan favoron al la idoloj. Allah tamen estas ege supera al tio, kion ili adoras.

192. Ĉu ili volas adori tiujn, kiuj nenion povas krei, kaj kiuj estas mem kreitaĵoj?

193. Ili ne povas doni al ili ian helpon, nek ili mem povas helpi sin.

194. Se vi vokas ilin al la gvidado, ili ne sekvas vin. Por ili estas tute egale, ĉu vi vokas ilin aŭ silentas.

195. Tiuj, kiujn vi vokas anstataŭ voki Allahon, estas servantoj kiel vi, do voku ilin kaj igu ilin respondi al vi, se vi estas sinceraj.

196. Ĉu ili havas piedojn por iri aŭ manojn por preni aŭ okulojn por vidi aŭ orelojn por aŭdi? Diru: "Voku viajn idolojn, poste konspiru kontraŭ mi kaj ne konsentu al mi pacon.

قُلْ لَّآ اَمْلِكُ لِنَفْسِىْ نَفْعًا وَّلَا ضَرًّا اِلَّا مَا شَآءَ اللّٰهُ
وَلَوْ كُنْتُ اَعْلَمُ الْغَيْبَ لَاسْتَكْثَرْتُ مِنَ الْخَيْرِ
وَمَا مَسَّنِىَ السُّوْٓءُ اِنْ اَنَا اِلَّا نَذِيْرٌ وَّبَشِيْرٌ لِّقَوْمٍ
يُّؤْمِنُوْنَ ﴿١٨٩﴾ ع ٢٣ ١٣
هُوَ الَّذِىْ خَلَقَكُمْ مِّنْ نَّفْسٍ وَّاحِدَةٍ وَّجَعَلَ مِنْهَا
زَوْجَهَا لِيَسْكُنَ اِلَيْهَا ۚ فَلَمَّا تَغَشّٰىهَا حَمَلَتْ حَمْلًا
خَفِيْفًا فَمَرَّتْ بِهٖ ۚ فَلَمَّآ اَثْقَلَتْ دَّعَوَا اللّٰهَ رَبَّهُمَا
لَئِنْ اٰتَيْتَنَا صَالِحًا لَّنَكُوْنَنَّ مِنَ الشّٰكِرِيْنَ ﴿١٩٠﴾
فَلَمَّآ اٰتٰىهُمَا صَالِحًا جَعَلَا لَهٗ شُرَكَآءَ فِيْمَآ اٰتٰىهُمَا ۚ
فَتَعٰلَى اللّٰهُ عَمَّا يُشْرِكُوْنَ ﴿١٩١﴾
اَيُشْرِكُوْنَ مَا لَا يَخْلُقُ شَيْـًٔا وَّهُمْ يُخْلَقُوْنَ ﴿١٩٢﴾
وَلَا يَسْتَطِيْعُوْنَ لَهُمْ نَصْرًا وَّلَآ اَنْفُسَهُمْ يَنْصُرُوْنَ ﴿١٩٣﴾
وَاِنْ تَدْعُوْهُمْ اِلَى الْهُدٰى لَا يَتَّبِعُوْكُمْ ۗ سَوَآءٌ عَلَيْكُمْ
اَدَعَوْتُمُوْهُمْ اَمْ اَنْتُمْ صَامِتُوْنَ ﴿١٩٤﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ عِبَادٌ اَمْثَالُكُمْ
فَادْعُوْهُمْ فَلْيَسْتَجِيْبُوْا لَكُمْ اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿١٩٥﴾
اَلَهُمْ اَرْجُلٌ يَّمْشُوْنَ بِهَآ ۚ اَمْ لَهُمْ اَيْدٍ يَّبْطِشُوْنَ بِهَآ ۚ
اَمْ لَهُمْ اَعْيُنٌ يُّبْصِرُوْنَ بِهَآ ۚ اَمْ لَهُمْ اٰذَانٌ يَّسْمَعُوْنَ
بِهَا ۗ قُلِ ادْعُوْا شُرَكَآءَكُمْ ثُمَّ كِيْدُوْنِ فَلَا تُنْظِرُوْنِ ﴿١٩٦﴾
اِنَّ وَلِىِّۦَ اللّٰهُ الَّذِىْ نَزَّلَ الْكِتٰبَ ۖ وَهُوَ يَتَوَلَّى
الصّٰلِحِيْنَ ﴿١٩٧﴾
وَالَّذِيْنَ تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِهٖ لَا يَسْتَطِيْعُوْنَ نَصْرَكُمْ

197. Vere mia protektanto estas Allah, kiu sendis la Libron; kaj Li protektas la justulojn.

198. Tiuj, kiujn vi vokas anstataŭ voki Lin, ne kapablas helpi vin nek helpi sin mem".

199. Kaj se vi vokas ilin al la gvidado, ili ne aŭdas, kaj vi vidas ilin rigardi vin, sed ili ne vidas.

200. Estu pacienca kaj ordonu justecon kaj turnu vin for de la nesciantoj!

201. Kiam malbona flustrado de Satano instigas vin, serĉu rifuĝon ĉe Allah. Vere Li estas ĉioaŭda, ĉioscia.

202. La justuloj, kiam ilin trafas malfeliĉo de Satano kaj ili memoras, jen! Tiam ili vidas,

203. kaj iliaj fratoj helpas ilin daŭrigi sian eraron, kaj ili ne laciĝas.

204. Se vi ne portas al ili signon, ili diras: "Kial vi ĝin ne elpensas? ". Diru: "Mi nur sekvas tion, kio estas revelaciita al mi de mia Sinjoro". Tiuj estas pruvoj de via Sinjoro kaj gvidilo kaj graco por popolo kredanta.

205. Kiam la Korano estas proklamata al vi, aŭskultu ĝin kaj silentu, por ke vi meritu kompaton.

206. Memoru vian Sinjoron en via animo, humile kaj timante, sen laŭtaj vortoj, matene kaj vespere, kaj ne estu unu el la senzorguloj.

207. Vere tiuj, kiuj estas proksimaj al via Sinjoro, ne turnas sin fierege for de Lia servo, sed laŭdegas Lin surgenuiĝante.

وَلَآ اَنْفُسَهُمْ يَنْصُرُوْنَ ﴿١٩٨﴾
وَاِنْ تَدْعُوْهُمْ اِلَى الْهُدٰى لَا يَسْمَعُوْا وَتَرٰىهُمْ
يَنْظُرُوْنَ اِلَيْكَ وَهُمْ لَا يُبْصِرُوْنَ ﴿١٩٩﴾
خُذِ الْعَفْوَ وَاْمُرْ بِالْعُرْفِ وَاَعْرِضْ عَنِ الْجٰهِلِيْنَ ﴿٢٠٠﴾
وَاِمَّا يَنْزَغَنَّكَ مِنَ الشَّيْطٰنِ نَزْغٌ فَاسْتَعِذْ بِاللّٰهِ
اِنَّهٗ سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ ﴿٢٠١﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ اتَّقَوْا اِذَا مَسَّهُمْ طٰٓئِفٌ مِّنَ الشَّيْطٰنِ
تَذَكَّرُوْا فَاِذَا هُمْ مُّبْصِرُوْنَ ﴿٢٠٢﴾
وَاِخْوَانُهُمْ يَمُدُّوْنَهُمْ فِي الْغَيِّ ثُمَّ لَا يُقْصِرُوْنَ ﴿٢٠٣﴾
وَاِذَا لَمْ تَاْتِهِمْ بِاٰيَةٍ قَالُوْا لَوْلَا اجْتَبَيْتَهَا قُلْ اِنَّمَآ
اَتَّبِعُ مَا يُوْحٰٓى اِلَيَّ مِنْ رَّبِّيْ هٰذَا بَصَآئِرُ مِنْ رَّبِّكُمْ
وَهُدًى وَّرَحْمَةٌ لِّقَوْمٍ يُّؤْمِنُوْنَ ﴿٢٠٤﴾
وَاِذَا قُرِئَ الْقُرْاٰنُ فَاسْتَمِعُوْا لَهٗ وَاَنْصِتُوْا لَعَلَّكُمْ
تُرْحَمُوْنَ ﴿٢٠٥﴾
وَاذْكُرْ رَّبَّكَ فِيْ نَفْسِكَ تَضَرُّعًا وَّخِيْفَةً وَّدُوْنَ الْجَهْرِ
مِنَ الْقَوْلِ بِالْغُدُوِّ وَالْاٰصَالِ وَلَا تَكُنْ مِّنَ الْغٰفِلِيْنَ ﴿٢٠٦﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ عِنْدَ رَبِّكَ لَا يَسْتَكْبِرُوْنَ عَنْ عِبَادَتِهٖ
ع ٢٤ وَيُسَبِّحُوْنَهٗ وَلَهٗ يَسْجُدُوْنَ ﴿٢٠٧﴾




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ili demandas vin pri la batalakirajô. Diru: "La batalakirajô apartenas al Allah kaj al la sendito. Do respektegu Allahon kaj ordigu la aferojn amikece inter vi, kaj obeu Allahon kaj Lian senditon, se vi estas kredantoj".

3. Vere estas kredantoj nur tiuj, kies koroj tremas, kiam Allah estas nomata, kaj kies kredo kreskas, kaj kiuj fidas je sia Sinjoro, kiam Liaj signoj estas proklamataj al ili,

4. kiuj levas la preĝon kaj disdonas per almozoj, kion Ni donis al ili.

5. Tiuj estas la veraj kredantoj. Por ili estas rangoj ĉe ilia Sinjoro kaj pardono kaj honora provizajô.

6. Memoru, kiel via Sinjoro elirigis vin el via domo por la vero: iuj el la kredantoj disiĝis.

7. Ili disputas kun vi pri la vero, kvankam ĝi estas evidenta, kvazaŭ ili estus puŝataj al la morto kaj ĝin jam vidus.

8. Memoru, kiam Allah promesis al vi, ke unu el la du trupoj falos en vian povon; vi volis, ke estu tiu senarma; Allah tamen deziris manifesti la veron per Siaj vortoj kaj tranĉi la radikojn de la miskredantoj,

9. por manifesti la veron kaj neniigi la falson, kvankam la pekuloj ne deziris tion.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
يَسْـَٔلُوْنَكَ عَنِ الْاَنْفَالِ ؕ قُلِ الْاَنْفَالُ لِلّٰهِ وَالرَّسُوْلِ ۚ
فَاتَّقُوا اللّٰهَ وَاَصْلِحُوْا ذَاتَ بَيْنِكُمْ ۪ وَاَطِيْعُوا اللّٰهَ وَ
رَسُوْلَهٗۤ اِنْ كُنْتُمْ مُّؤْمِنِيْنَ ②
اِنَّمَا الْمُؤْمِنُوْنَ الَّذِيْنَ اِذَا ذُكِرَ اللّٰهُ وَجِلَتْ قُلُوْبُهُمْ
وَاِذَا تُلِيَتْ عَلَيْهِمْ اٰيٰتُهٗ زَادَتْهُمْ اِيْمَانًا وَّعَلٰى
رَبِّهِمْ يَتَوَكَّلُوْنَ ③
الَّذِيْنَ يُقِيْمُوْنَ الصَّلٰوةَ وَمِمَّا رَزَقْنٰهُمْ يُنْفِقُوْنَ ④
اُولٰٓئِكَ هُمُ الْمُؤْمِنُوْنَ حَقًّا ؕ لَهُمْ دَرَجٰتٌ عِنْدَ رَبِّهِمْ
وَمَغْفِرَةٌ وَّرِزْقٌ كَرِيْمٌ ⑤
كَمَاۤ اَخْرَجَكَ رَبُّكَ مِنْۢ بَيْتِكَ بِالْحَقِّ ۪ وَاِنَّ فَرِيْقًا
مِّنَ الْمُؤْمِنِيْنَ لَكٰرِهُوْنَ ⑥
يُجَادِلُوْنَكَ فِي الْحَقِّ بَعْدَ مَا تَبَيَّنَ كَاَنَّمَا يُسَاقُوْنَ
اِلَى الْمَوْتِ وَهُمْ يَنْظُرُوْنَ ⑦
وَاِذْ يَعِدُكُمُ اللّٰهُ اِحْدَى الطَّآئِفَتَيْنِ اَنَّهَا لَكُمْ وَ
تَوَدُّوْنَ اَنَّ غَيْرَ ذَاتِ الشَّوْكَةِ تَكُوْنُ لَكُمْ وَيُرِيْدُ
اللّٰهُ اَنْ يُّحِقَّ الْحَقَّ بِكَلِمٰتِهٖ وَيَقْطَعَ دَابِرَ الْكٰفِرِيْنَ ⑧
لِيُحِقَّ الْحَقَّ وَيُبْطِلَ الْبَاطِلَ وَلَوْ كَرِهَ الْمُجْرِمُوْنَ ⑨
اِذْ تَسْتَغِيْثُوْنَ رَبَّكُمْ فَاسْتَجَابَ لَكُمْ اَنِّيْ مُمِدُّكُمْ

10. Memoru, kiam vi petegis la helpon de via Sinjoro kaj Li respondis al vi: "Mi vere subtenos vin per mil anĝeloj sin sekvantaj en ordigitaj vicoj".

11. Allah faris tion nur kiel bonan novaĵon, kaj por ke trankviliĝu per ĝi viaj koroj; neniel alie estas helpo ol ĉe Allah. Vere Allah estas ĉiopova, saĝa.

12. Memoru, kiam Li implikis vin en dormon – kvazaŭ sekureco venanta de Li – kaj Li sendis al vi akvon de la ĉielo, por ke ĝi purigu vin kaj forprenu de vi la hontindaĵojn de Satano, kaj plifortigu viajn korojn, kaj plifirmigu viajn paŝojn.

13. Memoru, kiam via Sinjoro anoncis al la anĝeloj: "Mi vere estas kun vi, do firmigu la kredantojn. Mi ĵetos terurón en la korojn de la miskredantoj. Do frapu ilin supre de la nuko kaj fortranĉu la ekstremaĵojn de iliaj fingroj! ".

14. Tio estis, ĉar ili obstine malobeis Allahon kaj Lian senditon. Tamen, pri tiu, kiu obstine malobeas Allahon kaj Lian senditon, sciu: Allah vere estas rapida je l' puno.

15. Tio – do gustumu ĝin – por la miskredantoj estos la turmento de l' fajro.

16. Ho vi, kredantoj! Kiam vi renkontas la miskredantojn venantajn kiel armeo, ne turnu viajn dorsojn al ili.

17. Kiu turnas sian dorson en tiu tago – krom se li iras returne al la batalo aŭ aliĝas al alia trupo – li vere fariĝas inda je la kolero de Allah, kaj lia loĝejo estos la infero. Malbonega estas tiu destino!

18. Ne vi, sed Allah mortigis ilin, kaj ne vi sed Allah ĵetis, kiam vi ĵetis, por pruvi por la kredantoj grandan gracon de Si mem. Vere Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

بِأَلْفٍ مِّنَ الْمَلٰٓئِكَةِ مُرْدِفِيْنَ (١٠)
وَمَا جَعَلَهُ اللّٰهُ إِلَّا بُشْرٰى وَلِتَطْمَئِنَّ بِهٖ قُلُوْبُكُمْ
وَمَا النَّصْرُ إِلَّا مِنْ عِنْدِ اللّٰهِ إِنَّ اللّٰهَ عَزِيْزٌ حَكِيْمٌ (١١)
إِذْ يُغَشِّيْكُمُ النُّعَاسَ أَمَنَةً مِّنْهُ وَيُنَزِّلُ عَلَيْكُمْ مِّنَ
السَّمَآءِ مَآءً لِّيُطَهِّرَكُمْ بِهٖ وَيُذْهِبَ عَنْكُمْ رِجْزَ الشَّيْطٰنِ
وَلِيَرْبِطَ عَلٰى قُلُوْبِكُمْ وَيُثَبِّتَ بِهِ الْأَقْدَامَ (١٢)
إِذْ يُوْحِيْ رَبُّكَ إِلَى الْمَلٰٓئِكَةِ أَنِّيْ مَعَكُمْ فَثَبِّتُوا الَّذِيْنَ
اٰمَنُوْا سَأُلْقِيْ فِيْ قُلُوْبِ الَّذِيْنَ كَفَرُوا الرُّعْبَ فَاضْرِبُوْا
فَوْقَ الْأَعْنَاقِ وَاضْرِبُوْا مِنْهُمْ كُلَّ بَنَانٍ (١٣)
ذٰلِكَ بِأَنَّهُمْ شَآقُّوا اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ وَمَنْ يُّشَاقِقِ
اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ فَإِنَّ اللّٰهَ شَدِيْدُ الْعِقَابِ (١٤)
ذٰلِكُمْ فَذُوْقُوْهُ وَأَنَّ لِلْكٰفِرِيْنَ عَذَابَ النَّارِ (١٥)
يٰٓأَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا إِذَا لَقِيْتُمُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا زَحْفًا
فَلَا تُوَلُّوْهُمُ الْأَدْبَارَ (١٦)
وَمَنْ يُّوَلِّهِمْ يَوْمَئِذٍ دُبُرَهٗٓ إِلَّا مُتَحَرِّفًا لِّقِتَالٍ أَوْ
مُتَحَيِّزًا إِلٰى فِئَةٍ فَقَدْ بَآءَ بِغَضَبٍ مِّنَ اللّٰهِ وَمَأْوٰىهُ
جَهَنَّمُ وَبِئْسَ الْمَصِيْرُ (١٧)
فَلَمْ تَقْتُلُوْهُمْ وَلٰكِنَّ اللّٰهَ قَتَلَهُمْ وَمَا رَمَيْتَ إِذْ
رَمَيْتَ وَلٰكِنَّ اللّٰهَ رَمٰى وَلِيُبْلِيَ الْمُؤْمِنِيْنَ مِنْهُ
بَلَآءً حَسَنًا إِنَّ اللّٰهَ سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ (١٨)
ذٰلِكُمْ وَأَنَّ اللّٰهَ مُوْهِنُ كَيْدِ الْكٰفِرِيْنَ (١٩)
إِنْ تَسْتَفْتِحُوْا فَقَدْ جَآءَكُمُ الْفَتْحُ وَإِنْ تَنْتَهُوْا فَهُوَ

to) igis ilin riĉaj per Sia graco. Se ili nun pentos, estos pli bone por ili; se ili tamen poste turnos sin for, tiam Allah punos ilin per dolora turmento en ĉi tiu kaj en la venonta vivo, kaj por ili ne estos sur la tero protektanto nek helpanto.

75. Inter ili estas iuj, kiuj promesis al Allah: "Se Li donus al ni iom el Sia graco, ni certe disdonus almozojn kaj estus justuloj".

76. Sed kiam Li donis al ili Sian gracon, ili fariĝis avaraj je tio kaj sin turnis for malŝatante.

77. Tiel Li repagis ilin per hipokriteco, kiu restas en iliaj koroj ĝis la tago, en kiu ili renkontos Lin, ĉar ili ne plenumis por Allah tion, kion ili promesis al Li, kaj ĉar ili mensogadis.

78. Ĉu ili ne scias, ke Allah konas iliajn sekretojn kaj iliajn konfidencajn interparolojn, kaj ke Allah estas la plej bona konanto de la Nevideblaĵoj?

79. Pri tiuj, kiuj riproĉas tiujn el la kredantoj, kiuj disdonas libervole la almozojn, kaj tiujn, kiuj nenion trovas por disdoni ol sian salajron, – kaj tial ili mokas ilin –, sciu: Allah repagos ilin pro ilia mokado kaj por ili estos dolora puno,

80. ĉu vi petas pardonon por ili, ĉu vi ne petas pardonon por ili; eĉ se vi petos pardonon por ili sepdekfoje, Allah ne pardonos ilin. Tio estas, ĉar ili rifuzis la kredon je Allah kaj al Lia sendito. Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

81. Tiuj, kiuj restis malantaŭe, ĝojis pro sia sidado hejme malantaŭ la sendito de Allah kaj ne inklinis al la batalo per siaj propraĵoj

يَا أَيُّهَا النَّبِيُّ جَاهِدِ الْكُفَّارَ وَالْمُنٰفِقِينَ وَاغْلُظْ
عَلَيْهِمْ ۚ وَمَأْوٰىهُمْ جَهَنَّمُ ۖ وَبِئْسَ الْمَصِيرُ ﴿٧٣﴾
يَحْلِفُونَ بِاللّٰهِ مَا قَالُوا ۗ وَلَقَدْ قَالُوا كَلِمَةَ الْكُفْرِ وَ
كَفَرُوا بَعْدَ إِسْلَامِهِمْ وَهَمُّوا بِمَا لَمْ يَنَالُوا ۚ وَمَا
نَقَمُوا إِلَّا أَنْ أَغْنٰىهُمُ اللّٰهُ وَرَسُولُهُ مِنْ فَضْلِهِ ۚ
فَإِنْ يَتُوبُوا يَكُ خَيْرًا لَّهُمْ ۖ وَإِنْ يَتَوَلَّوْا يُعَذِّبْهُمُ اللّٰهُ
عَذَابًا أَلِيمًا ۙ فِي الدُّنْيَا وَالْآخِرَةِ ۚ وَمَا لَهُمْ فِي الْأَرْضِ
مِنْ وَّلِيٍّ وَّلَا نَصِيرٍ ﴿٧٤﴾
وَمِنْهُمْ مَّنْ عٰهَدَ اللّٰهَ لَئِنْ اٰتٰىنَا مِنْ فَضْلِهِ لَنَصَّدَّقَنَّ
وَلَنَكُونَنَّ مِنَ الصّٰلِحِينَ ﴿٧٥﴾
فَلَمَّا اٰتٰىهُمْ مِّنْ فَضْلِهِ بَخِلُوا بِهِ وَتَوَلَّوْا وَّهُمْ مُّعْرِضُونَ ﴿٧٦﴾
فَأَعْقَبَهُمْ نِفَاقًا فِي قُلُوبِهِمْ إِلٰى يَوْمِ يَلْقَوْنَهُ بِمَا أَخْلَفُوا
اللّٰهَ مَا وَعَدُوهُ وَبِمَا كَانُوا يَكْذِبُونَ ﴿٧٧﴾
أَلَمْ يَعْلَمُوا أَنَّ اللّٰهَ يَعْلَمُ سِرَّهُمْ وَنَجْوٰىهُمْ وَأَنَّ
اللّٰهَ عَلَّامُ الْغُيُوبِ ﴿٧٨﴾
اَلَّذِينَ يَلْمِزُونَ الْمُطَّوِّعِينَ مِنَ الْمُؤْمِنِينَ فِي
الصَّدَقٰتِ وَالَّذِينَ لَا يَجِدُونَ إِلَّا جُهْدَهُمْ فَيَسْخَرُونَ
مِنْهُمْ ۙ سَخِرَ اللّٰهُ مِنْهُمْ ۖ وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٧٩﴾
اِسْتَغْفِرْ لَهُمْ أَوْ لَا تَسْتَغْفِرْ لَهُمْ ۗ إِنْ تَسْتَغْفِرْ لَهُمْ
سَبْعِينَ مَرَّةً فَلَنْ يَّغْفِرَ اللّٰهُ لَهُمْ ۚ ذٰلِكَ بِأَنَّهُمْ كَفَرُوا
بِاللّٰهِ وَرَسُولِهِ ۗ وَاللّٰهُ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الْفٰسِقِينَ ﴿٨٠﴾ ع
فَرِحَ الْمُخَلَّفُونَ بِمَقْعَدِهِمْ خِلٰفَ رَسُولِ اللّٰهِ وَ

nek per siaj animoj por la afero de Allah, kaj ili diris: "Ne eliru en ĉi tiu varmego! ". Diru: "La fajro de l' infero estas eĉ pli varma". Se ili nur komprenus!

82. Ili havas malmulton por ridi kaj multon por plori kiel repagon por tio, kion ili meritis.

83. Se Allah igas vin reiri hejmen al iuj el ili, kaj ili petas de vi permeson eliri, diru: "Neniam vi eliros kun mi kaj neniam vi batalos kun mi kontraŭ iu ajn malamiko. Al vi plaĉis sidi hejme la unuan fojon, do sidu nun kun la sidantoj".

84. Ne preĝu por iu el ili, kiu mortas, kaj ne staru apud lia tombo. Vere ili rifuzis la kredon je Allah kaj al Lia sendito, kaj ili mortis malobeemaj.

85. Ne miru pri iliaj propraĵoj aŭ idoj. Allah deziras nur puni ilin per tiaj aĵoj en ĉi tiu vivo, kaj iliaj animoj foriros dum ili ankoraŭ estas miskredantoj.

86. Se estas sendata ĉapitro, kiu anoncas: "Kredu je Allah kaj batalu kun Lia sendito", tiam petas de vi la riĉuloj inter ili permeson, dirante: "Lasu nin kun tiuj, kiuj sidas hejme".

87. Ili estas kontentaj, ĉar ili estas kun tiuj, kiuj restas malantaŭe, kaj iliaj koroj estas sigelitaj, kaj ili ne komprenas.

88. Tamen la sendito kaj la kredantoj kun li batalis per siaj propraĵoj kaj per siaj animoj; estas ili tiuj, por kiuj estos bono, kaj ili estos sukcesaj.

89. Por ili Allah pretigis ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj; tie ili restos ĉiam. Tio estas la plej granda feliĉo.

كَرِهُوٓا أَن يُجَاهِدُوا بِأَمْوَالِهِمْ وَأَنفُسِهِمْ فِى سَبِيلِ
ٱللَّهِ وَقَالُوا لَا تَنفِرُوا فِى ٱلْحَرِّ ۗ قُلْ نَارُ جَهَنَّمَ أَشَدُّ
حَرًّا ۚ لَّوْ كَانُوا يَفْقَهُونَ ٨١
فَلْيَضْحَكُوا قَلِيلًا وَلْيَبْكُوا كَثِيرًا ۚ جَزَآءً بِمَا
كَانُوا يَكْسِبُونَ ٨٢
فَإِن رَّجَعَكَ ٱللَّهُ إِلَىٰ طَآئِفَةٍ مِّنْهُمْ فَٱسْتَأْذَنُوكَ
لِلْخُرُوجِ فَقُل لَّن تَخْرُجُوا مَعِىَ أَبَدًا وَلَن تُقَاتِلُوا
مَعِىَ عَدُوًّا ۖ إِنَّكُمْ رَضِيتُم بِٱلْقُعُودِ أَوَّلَ مَرَّةٍ
فَٱقْعُدُوا مَعَ ٱلْخَالِفِينَ ٨٣
وَلَا تُصَلِّ عَلَىٰٓ أَحَدٍ مِّنْهُم مَّاتَ أَبَدًا وَلَا تَقُمْ
عَلَىٰ قَبْرِهِۦٓ ۖ إِنَّهُمْ كَفَرُوا بِٱللَّهِ وَرَسُولِهِۦ وَمَاتُوا وَ
هُمْ فَاسِقُونَ ٨٤
وَلَا تُعْجِبْكَ أَمْوَالُهُمْ وَأَوْلَادُهُمْ ۚ إِنَّمَا يُرِيدُ
ٱللَّهُ أَن يُعَذِّبَهُم بِهَا فِى ٱلدُّنْيَا وَتَزْهَقَ أَنفُسُهُمْ
وَهُمْ كَافِرُونَ ٨٥
وَإِذَآ أُنزِلَتْ سُورَةٌ أَنْ ءَامِنُوا بِٱللَّهِ وَجَاهِدُوا مَعَ
رَسُولِهِ ٱسْتَأْذَنَكَ أُولُوا ٱلطَّوْلِ مِنْهُمْ وَقَالُوا ذَرْنَا
نَكُن مَّعَ ٱلْقَاعِدِينَ ٨٦
رَضُوا بِأَن يَكُونُوا مَعَ ٱلْخَوَالِفِ وَطُبِعَ عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ
فَهُمْ لَا يَفْقَهُونَ ٨٧
لَٰكِنِ ٱلرَّسُولُ وَٱلَّذِينَ ءَامَنُوا مَعَهُۥ جَاهَدُوا بِأَمْوَالِهِمْ
وَأَنفُسِهِمْ ۚ وَأُولَٰٓئِكَ لَهُمُ ٱلْخَيْرَاتُ ۖ وَأُولَٰٓئِكَ هُمُ

90. Venis iuj Araboj de la dezerto kun pretekstoj, por ke oni liberigu ilin de tio, kaj tiuj, kiuj mensogis pri Allah kaj Lia sendito, restis hejme. Dolora puno trafos tiujn el ili, kiuj estas miskredantoj.

91. Ne estos riproĉo kontraŭ la malfortaj kaj la malsanaj kaj tiuj, kiuj ne trovas ion por disdoni, se ili estas sinceraj al Allah kaj al Lia sendito. Ne estos riproĉo kontraŭ la bonfarantoj. Allah estas senkulpigema, pardonema.

92. Ne estos riproĉo kontraŭ tiuj, kiuj venis al vi, por ke vi faru ilin rajdistoj, kaj vi diris: "Mi ne trovas ion por fari vin tiaj". Tiam ili turnis sin for kaj iliaj okuloj pleniĝis je larmoj pro ĉagreno, ĉar ili nenion trovis por disdoni.

93. Vere estos riproĉo nur kontraŭ tiuj, kiuj petas de vi permeson, kvankam ili estas riĉaj. Ili estas kontentaj, ĉar ili estas kun la restintoj. Allah sigelis iliajn korojn, tiel ke ili ne scias.

*

Fino de la 10-a parto

94. Ili prezentos pretekstojn, kiam vi revenos al ili. Diru: "Ne prezentu pretekstojn: mi malgraŭ tio neniam kredos al vi, Allah jam instruis nin pri viaj aferoj. Allah kaj Lia sendito rigardas viajn agojn. Poste vi revenos al la Scianto de la Nevideblaĵoj kaj de la revelacio, kaj Li sciigos al vi, kion vi kutimis fari.

95. Kiam vi revenos al ili, ili ĵuros al vi per Allah, ke vi devas lasi ilin. Do lasu ilin. Ili fakte estas malpuraĵo kaj ilia loĝejo estos la infero, kiel repago pro iliaj meritoj.

الْمُفْلِحُونَ ﴿٨٨﴾
أَعَدَّ اللَّهُ لَهُمْ جَنَّاتٍ تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ
خَالِدِينَ فِيهَا ۚ ذَٰلِكَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿٨٩﴾
وَجَاءَ الْمُعَذِّرُونَ مِنَ الْأَعْرَابِ لِيُؤْذَنَ لَهُمْ
وَقَعَدَ الَّذِينَ كَذَبُوا اللَّهَ وَرَسُولَهُ ۚ سَيُصِيبُ الَّذِينَ
كَفَرُوا مِنْهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٩٠﴾
لَيْسَ عَلَى الضُّعَفَاءِ وَلَا عَلَى الْمَرْضَىٰ وَلَا عَلَى
الَّذِينَ لَا يَجِدُونَ مَا يُنْفِقُونَ حَرَجٌ إِذَا نَصَحُوا
لِلَّهِ وَرَسُولِهِ ۚ مَا عَلَى الْمُحْسِنِينَ مِنْ سَبِيلٍ ۚ وَ
اللَّهُ غَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿٩١﴾
وَلَا عَلَى الَّذِينَ إِذَا مَا أَتَوْكَ لِتَحْمِلَهُمْ قُلْتَ لَا
أَجِدُ مَا أَحْمِلُكُمْ عَلَيْهِ تَوَلَّوْا وَأَعْيُنُهُمْ تَفِيضُ مِنَ
الدَّمْعِ حَزَنًا أَلَّا يَجِدُوا مَا يُنْفِقُونَ ﴿٩٢﴾
إِنَّمَا السَّبِيلُ عَلَى الَّذِينَ يَسْتَأْذِنُونَكَ وَهُمْ
أَغْنِيَاءُ ۚ رَضُوا بِأَنْ يَكُونُوا مَعَ الْخَوَالِفِ وَطَبَعَ
اللَّهُ عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ فَهُمْ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٩٣﴾
يَعْتَذِرُونَ إِلَيْكُمْ إِذَا رَجَعْتُمْ إِلَيْهِمْ ۚ قُلْ
لَا تَعْتَذِرُوا لَنْ نُؤْمِنَ لَكُمْ قَدْ نَبَّأَنَا اللَّهُ مِنْ
أَخْبَارِكُمْ ۚ وَسَيَرَى اللَّهُ عَمَلَكُمْ وَرَسُولُهُ ثُمَّ تُرَدُّونَ
إِلَىٰ عَالِمِ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ فَيُنَبِّئُكُمْ بِمَا كُنْتُمْ
تَعْمَلُونَ ﴿٩٤﴾
سَيَحْلِفُونَ بِاللَّهِ لَكُمْ إِذَا انْقَلَبْتُمْ إِلَيْهِمْ لِتُعْرِضُوا

96. Ili ĵuros al vi, ke vi povas esti kontentaj pri ili. Se vi tamen ankaŭ estus kontentaj pri ili, Allah ne estus kontenta pri la popolo malpiega.

97. La Araboj de la dezerto estas la plej malbonaj miskredantoj kaj hipokrituloj, kaj ili inklinas al la ignorado de la ordonoj, kiujn Allah sendis al Sia sendito. Allah estas ĉioscia, saĝa.

98. Inter la Araboj de la dezerto estas iuj, kiuj rigardas siajn almozojn deviga elpago, kaj ili nur atendas, ke vin trafu malfeliĉo. Tamen nur ilin trafos malfeliĉo. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

99. Tamen inter la Araboj de la dezerto estas iuj, kiuj kredas je Allah kaj al la vivo venonta, kaj ili rigardas siajn almozojn ilo por alproksimiĝi al Allah kaj al la benoj de Lia sendito. Aŭskultu! Vere tio estas por ili ilo por alproksimiĝi. Baldaŭ Allah enirigos ilin en Sian favoron. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

100. La antaŭaj, la unuaj el la elmigrintoj kaj el la helpantoj, kaj tiuj, kiuj ilin plej konvene sekvis: Allah estas kontenta pri ili kaj ili estas kontentaj pri Li. Por ili estos ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj. Tie ili restos por ĉiam kaj eterne. Tio estas la plej granda feliĉo.

101. Inter la Araboj de la dezerto, kiuj loĝas ĉirkaŭ vi, estas hipokrituloj, kiel ankaŭ inter la loĝantoj de Medino. Ili estas obstinaj en sia hipokriteco. Vi ne konas ilin, sed Ni konas ilin. Ni punos ilin dumaniere, poste ili estos liveritaj al terura turmento.

102. Aliaj konfesis siajn pekojn. Ili miksis bonan agon kun alia, malbona. Baldaŭ Al-

عَنْهُمْ فَأَعْرِضُوا عَنْهُمْ إِنَّهُمْ رِجْسٌ وَمَأْوَاهُمْ
جَهَنَّمُ جَزَاءً بِمَا كَانُوا يَكْسِبُونَ ﴿٩٥﴾
يَحْلِفُونَ لَكُمْ لِتَرْضَوْا عَنْهُمْ فَإِنْ تَرْضَوْا عَنْهُمْ
فَإِنَّ اللَّهَ لَا يَرْضَىٰ عَنِ الْقَوْمِ الْفَاسِقِينَ ﴿٩٦﴾
الْأَعْرَابُ أَشَدُّ كُفْرًا وَنِفَاقًا وَأَجْدَرُ أَلَّا يَعْلَمُوا
حُدُودَ مَا أَنْزَلَ اللَّهُ عَلَىٰ رَسُولِهِ وَاللَّهُ عَلِيمٌ حَكِيمٌ ﴿٩٧﴾
وَمِنَ الْأَعْرَابِ مَنْ يَتَّخِذُ مَا يُنْفِقُ مَغْرَمًا وَيَتَرَبَّصُ
بِكُمُ الدَّوَائِرَ عَلَيْهِمْ دَائِرَةُ السَّوْءِ وَاللَّهُ سَمِيعٌ
عَلِيمٌ ﴿٩٨﴾
وَمِنَ الْأَعْرَابِ مَنْ يُؤْمِنُ بِاللَّهِ وَالْيَوْمِ الْآخِرِ
وَيَتَّخِذُ مَا يُنْفِقُ قُرُبَاتٍ عِنْدَ اللَّهِ وَصَلَوَاتِ الرَّسُولِ
أَلَا إِنَّهَا قُرْبَةٌ لَهُمْ سَيُدْخِلُهُمُ اللَّهُ فِي رَحْمَتِهِ
إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿٩٩﴾ ع
وَالسَّابِقُونَ الْأَوَّلُونَ مِنَ الْمُهَاجِرِينَ وَالْأَنْصَارِ
وَالَّذِينَ اتَّبَعُوهُمْ بِإِحْسَانٍ رَضِيَ اللَّهُ عَنْهُمْ
وَرَضُوا عَنْهُ وَأَعَدَّ لَهُمْ جَنَّاتٍ تَجْرِي تَحْتَهَا
الْأَنْهَارُ خَالِدِينَ فِيهَا أَبَدًا ذَٰلِكَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿١٠٠﴾
وَمِمَّنْ حَوْلَكُمْ مِنَ الْأَعْرَابِ مُنَافِقُونَ وَمِنْ
أَهْلِ الْمَدِينَةِ مَرَدُوا عَلَى النِّفَاقِ لَا تَعْلَمُهُمْ
نَحْنُ نَعْلَمُهُمْ سَنُعَذِّبُهُمْ مَرَّتَيْنِ ثُمَّ يُرَدُّونَ إِلَىٰ
عَذَابٍ عَظِيمٍ ﴿١٠١﴾
وَآخَرُونَ اعْتَرَفُوا بِذُنُوبِهِمْ خَلَطُوا عَمَلًا صَالِحًا

lah turnos Sin al ili bonvole. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

103. Ricevu almozon el iliaj propraĵoj por purigi kaj senmakuligi ilin per ĝi, kaj preĝu por ili, ĉar via preĝo estas trankviligo por ili, kaj Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

104. Ĉu ili ne scias, ke estas Allah Tiu, kiu akceptas la penton de Siaj servantoj kaj ricevas la almozojn, kaj ke Allah estas la Kompatema, la Pardonema?

105. Diru: "Agu! Vidos vian agadon Allah kaj Lia sendito kaj la kredantoj, kaj vi revenos al la Scianto de la Nevideblaĵoj kaj de la Videblaĵoj; tiam Li sciigos al vi, kion vi faris".

106. Aliaj atendas la ordonon de Allah. Li punos ilin aŭ Li turnos Sin al ili bonvole. Allah estas ĉioscia, saĝa.

107. Tiuj, kiuj konstruis moskeon por estigi inter la kredantoj malfeliĉon, miskredon kaj skismon kaj kiel embuskon por tiu, kiu antaŭe batalis kontraŭ Allah kaj kontraŭ Lia sendito, certe ili ĵuros: "Ni nur celis bonon". Allah estas tamen atestanto, ke ili estas nur mensoguloj.

108. Staru neniam tie por preĝi. Vere moskeo konstruita sur pieco ekde la unua tago estas pli inda por vi por stari en ĝi; tie estas viroj, kiuj deziras puriĝi; Allah amas la sinpurigantajn.

109. Ĉu estas pli bona tiu, kiu konstruis sian domon sur respektego de Allah kaj Lia bonvolo, aŭ tiu, kiu konstruis sian domon sur la rando de sablaĵo cedema tiel, ke ĝi elfalos en la fajron de l' infero? Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

110. Tiu ilia konstruaĵo, kiun ili starigis, ne ĉesos estigi dubojn en iliaj koroj, ĝis iliaj koroj disrompos. Allah estas ĉioscia, saĝa.

وَّاٰخَرَ سَيِّئًا ۭ عَسَى اللّٰهُ اَنْ يَّتُوْبَ عَلَيْهِمْ ۭ اِنَّ اللّٰهَ
غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿١٠٢﴾
خُذْ مِنْ اَمْوَالِهِمْ صَدَقَةً تُطَهِّرُهُمْ وَتُزَكِّيْهِمْ
بِهَا وَصَلِّ عَلَيْهِمْ ۭ اِنَّ صَلٰوتَكَ سَكَنٌ لَّهُمْ ۭ وَاللّٰهُ
سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ ﴿١٠٣﴾
اَلَمْ يَعْلَمُوْٓا اَنَّ اللّٰهَ هُوَ يَقْبَلُ التَّوْبَةَ عَنْ عِبَادِهٖ وَ
يَاْخُذُ الصَّدَقٰتِ وَاَنَّ اللّٰهَ هُوَ التَّوَّابُ الرَّحِيْمُ ﴿١٠٤﴾
وَقُلِ اعْمَلُوْا فَسَيَرَى اللّٰهُ عَمَلَكُمْ وَرَسُوْلُهٗ وَالْمُؤْمِنُوْنَ
وَسَتُرَدُّوْنَ اِلٰى عٰلِمِ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ فَيُنَبِّئُكُمْ بِمَا
كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿١٠٥﴾
وَاٰخَرُوْنَ مُرْجَوْنَ لِاَمْرِ اللّٰهِ اِمَّا يُعَذِّبُهُمْ وَاِمَّا يَتُوْبُ
عَلَيْهِمْ ۭ وَاللّٰهُ عَلِيْمٌ حَكِيْمٌ ﴿١٠٦﴾
وَالَّذِيْنَ اتَّخَذُوْا مَسْجِدًا ضِرَارًا وَّكُفْرًا وَّتَفْرِيْقًۢا
بَيْنَ الْمُؤْمِنِيْنَ وَاِرْصَادًا لِّمَنْ حَارَبَ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ
مِنْ قَبْلُ ۭ وَلَيَحْلِفُنَّ اِنْ اَرَدْنَآ اِلَّا الْحُسْنٰى ۭ وَاللّٰهُ يَشْهَدُ
اِنَّهُمْ لَكٰذِبُوْنَ ﴿١٠٧﴾
لَا تَقُمْ فِيْهِ اَبَدًا ۭ لَمَسْجِدٌ اُسِّسَ عَلَى التَّقْوٰى مِنْ اَوَّلِ
يَوْمٍ اَحَقُّ اَنْ تَقُوْمَ فِيْهِ ۭ فِيْهِ رِجَالٌ يُّحِبُّوْنَ اَنْ يَّتَطَهَّرُوْا ۭ
وَاللّٰهُ يُحِبُّ الْمُطَّهِّرِيْنَ ﴿١٠٨﴾
اَفَمَنْ اَسَّسَ بُنْيَانَهٗ عَلٰي تَقْوٰى مِنَ اللّٰهِ وَرِضْوَانٍ
خَيْرٌ اَمْ مَّنْ اَسَّسَ بُنْيَانَهٗ عَلٰي شَفَا جُرُفٍ هَارٍ
فَانْهَارَ بِهٖ فِيْ نَارِ جَهَنَّمَ ۭ وَاللّٰهُ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ

111. Vere Allah aĉetis de la kredantoj iliajn animojn kaj iliajn propraĵojn per la Paradizo; ili batalas por la afero de Allah, ili mortigas kaj estas mortigitaj – promeso, deviga por Li, en la Torao kaj en la Evangelio kaj en la Korano. Kiu plenumas sian promeson pli bone ol Allah? Do ĝoju pro via alianco, kiun vi konkludis kun Li. Tio estas la plej granda feliĉo.

112. Tiuj, kiuj sin turnas pentante al Li, kiuj adoras kaj laŭdegas, kaj pilgrimas kaj surgenuiĝas kaj terenkuŝiĝas kaj ordonas la bonon kaj malpermesas la malbonon kaj atentas pri la baroj de Allah – al la kredantoj anoncu la bonan novaĵon.

113. Ne konvenas al la Profeto kaj al la kredantoj petegi pardonon por la idolanoj, eĉ se tiuj estas iliaj plej proksimaj parencoj, post kiam al ili estas manifestite, ke ili estos loĝantoj de l' infero.

114. Ke Abraham petis pardonon por sia patro, estis nur pro promeso, kiun li donis al li, tamen, kiam fariĝis evidente por li, ke la patro estas malamiko de Allah, li turnis sin for de li. Vere Abraham estis milda, malsevera.

115. Allah ne kutimas erarigi popolon, post kiam Li gvidis ĝin. Li ja antaŭe montris tion, kion ili devas eviti. Vere Allah konas ĉiujn aferojn.

116. Vere estas de Allah la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Li donas la vivon kaj la morton. Por vi ne estos protektanto nek helpanto krom Allah.

117. Vere Allah turnis Sin bonvole al la Profeto kaj al la elmigrintoj kaj al la helpintoj, kiuj lin sekvis en la horo de l' mizero, kiam la koroj de iuj el ili preskaŭ jam ŝanceliĝis. Poste Li turnis Sin al ili. Vere Li estas senkulpigema, pardonema kontraŭ ili.

الظّٰلِمِينَ ﴿١٠٩﴾
لَا يَزَالُ بُنْيَانُهُمُ الَّذِي بَنَوْا رِيبَةً فِي قُلُوبِهِمْ
إِلَّا أَنْ تَقَطَّعَ قُلُوبُهُمْ ۗ وَاللَّهُ عَلِيمٌ حَكِيمٌ ﴿١١٠﴾
إِنَّ اللَّهَ اشْتَرَىٰ مِنَ الْمُؤْمِنِينَ أَنْفُسَهُمْ وَأَمْوَالَهُمْ
بِأَنَّ لَهُمُ الْجَنَّةَ ۚ يُقَاتِلُونَ فِي سَبِيلِ اللَّهِ فَيَقْتُلُونَ
وَيُقْتَلُونَ ۖ وَعْدًا عَلَيْهِ حَقًّا فِي التَّوْرَاةِ وَالْإِنْجِيلِ
وَالْقُرْآنِ ۚ وَمَنْ أَوْفَىٰ بِعَهْدِهِ مِنَ اللَّهِ ۚ فَاسْتَبْشِرُوا
بِبَيْعِكُمُ الَّذِي بَايَعْتُمْ بِهِ ۚ وَذَٰلِكَ هُوَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿١١١﴾
التَّائِبُونَ الْعَابِدُونَ الْحَامِدُونَ السَّائِحُونَ الرَّاكِعُونَ
السَّاجِدُونَ الْآمِرُونَ بِالْمَعْرُوفِ وَالنَّاهُونَ عَنِ
الْمُنْكَرِ وَالْحَافِظُونَ لِحُدُودِ اللَّهِ ۗ وَبَشِّرِ الْمُؤْمِنِينَ ﴿١١٢﴾
مَا كَانَ لِلنَّبِيِّ وَالَّذِينَ آمَنُوا أَنْ يَسْتَغْفِرُوا لِلْمُشْرِكِينَ
وَلَوْ كَانُوا أُولِي قُرْبَىٰ مِنْ بَعْدِ مَا تَبَيَّنَ لَهُمْ أَنَّهُمْ
أَصْحَابُ الْجَحِيمِ ﴿١١٣﴾
وَمَا كَانَ اسْتِغْفَارُ إِبْرَاهِيمَ لِأَبِيهِ إِلَّا عَنْ مَوْعِدَةٍ
وَعَدَهَا إِيَّاهُ فَلَمَّا تَبَيَّنَ لَهُ أَنَّهُ عَدُوٌّ لِلَّهِ تَبَرَّأَ مِنْهُ ۚ
إِنَّ إِبْرَاهِيمَ لَأَوَّاهٌ حَلِيمٌ ﴿١١٤﴾
وَمَا كَانَ اللَّهُ لِيُضِلَّ قَوْمًا بَعْدَ إِذْ هَدَاهُمْ
حَتَّىٰ يُبَيِّنَ لَهُمْ مَا يَتَّقُونَ ۚ إِنَّ اللَّهَ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمٌ ﴿١١٥﴾
إِنَّ اللَّهَ لَهُ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۖ يُحْيِي
وَيُمِيتُ ۚ وَمَا لَكُمْ مِنْ دُونِ اللَّهِ مِنْ
وَلِيٍّ وَلَا نَصِيرٍ ﴿١١٦﴾

118. Ankaŭ al la tri, kiuj restis malantaŭe, ĝis la tero fariĝis por ili tro malvasta, malgraŭ ĝia vasteco, kaj iliaj animoj fariĝis por ili tro mallarĝaj kaj ili sciis, ke ne ekzistas rifuĝo antaŭ Allah krom apud Li. Poste Li turnis Sin al ili, por ke ili konvertiĝu. Vere Allah estas la Kompatema, la Pardonema.

119. Ho vi, kredantoj! Respektegu Allahon kaj estu kun la justuloj.

120. Ne konvenis al la loĝantoj de Medino, nek al la Araboj de la dezerto loĝantaj ĉirkaŭ ili, resti malantaŭ la sendito de Allah kaj preferi siajn vivojn al lia vivo. Tio, ĉar nek soifo nek laceco nek malsato suferigis ilin en la afero de Allah, kaj ili ne eniras vojon, kiu kolerigas la miskredantojn, nek altrudas al malamiko iun doloron, krom se al ili estas atribuita laŭdinda ago. Vere Allah ne vanigas la rekompencon por la bonfarantoj.

121. Ili ne disdonas iun sumon, ĉu malgrandan, ĉu grandan, kaj ili ne transiras iun valon, krom se tio estas ordonita al ili, por ke Allah donu al ili la plej grandan rekompencon pro iliaj agoj.

122. Ne eblas por la kredantoj eliri ĉiuj kune; kial do ne eliras el ĉiu el iliaj triboj unu grupo, tiel ke ili estu admirataj pri religiaj aferoj, kaj ili povu admoni sian popolon post la reveno, por ke ĝi sin gardu de la malfeliĉo?

123. Ho vi, kredantoj! Batalu kontraŭ la miskredantoj, kiuj estas viaj najbaroj, kaj al ili sentigu vian severecon, kaj sciu, ke Allah estas kun la justuloj.

لَقَدْ تَّابَ اللّٰهُ عَلَى النَّبِيِّ وَالْمُهٰجِرِيْنَ وَالْاَنْصَارِ
الَّذِيْنَ اتَّبَعُوْهُ فِيْ سَاعَةِ الْعُسْرَةِ مِنْۢ بَعْدِ مَا
كَادَ يَزِيْغُ قُلُوْبُ فَرِيْقٍ مِّنْهُمْ ثُمَّ تَابَ عَلَيْهِمْ
اِنَّهٗ بِهِمْ رَءُوْفٌ رَّحِيْمٌ ﴿١١٧﴾
وَّعَلَى الثَّلٰثَةِ الَّذِيْنَ خُلِّفُوْا حَتّٰٓى اِذَا ضَاقَتْ عَلَيْهِمُ الْاَرْضُ بِمَا
رَحُبَتْ وَضَاقَتْ عَلَيْهِمْ اَنْفُسُهُمْ وَظَنُّوْٓا اَنْ لَّا مَلْجَاَ
مِنَ اللّٰهِ اِلَّآ اِلَيْهِ ثُمَّ تَابَ عَلَيْهِمْ لِيَتُوْبُوْا اِنَّ اللّٰهَ
هُوَ التَّوَّابُ الرَّحِيْمُ ﴿١١٨﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوا اتَّقُوا اللّٰهَ وَكُوْنُوْا مَعَ الصّٰدِقِيْنَ ﴿١١٩﴾
مَا كَانَ لِاَهْلِ الْمَدِيْنَةِ وَمَنْ حَوْلَهُمْ مِّنَ الْاَعْرَابِ
اَنْ يَّتَخَلَّفُوْا عَنْ رَّسُوْلِ اللّٰهِ وَلَا يَرْغَبُوْا بِاَنْفُسِهِمْ عَنْ
نَّفْسِهٖ ذٰلِكَ بِاَنَّهُمْ لَا يُصِيْبُهُمْ ظَمَاٌ وَّلَا نَصَبٌ وَّلَا
مَخْمَصَةٌ فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ وَلَا يَطَـُٔوْنَ مَوْطِئًا يَّغِيْظُ
الْكُفَّارَ وَلَا يَنَالُوْنَ مِنْ عَدُوٍّ نَّيْلًا اِلَّا كُتِبَ لَهُمْ بِهٖ
عَمَلٌ صَالِحٌ اِنَّ اللّٰهَ لَا يُضِيْعُ اَجْرَ الْمُحْسِنِيْنَ ﴿١٢٠﴾
وَلَا يُنْفِقُوْنَ نَفَقَةً صَغِيْرَةً وَّلَا كَبِيْرَةً وَّلَا يَقْطَعُوْنَ
وَادِيًا اِلَّا كُتِبَ لَهُمْ لِيَجْزِيَهُمُ اللّٰهُ اَحْسَنَ مَا كَانُوْا
يَعْمَلُوْنَ ﴿١٢١﴾
وَمَا كَانَ الْمُؤْمِنُوْنَ لِيَنْفِرُوْا كَآفَّةً فَلَوْلَا نَفَرَ مِنْ
كُلِّ فِرْقَةٍ مِّنْهُمْ طَآئِفَةٌ لِّيَتَفَقَّهُوْا فِي الدِّيْنِ
وَلِيُنْذِرُوْا قَوْمَهُمْ اِذَا رَجَعُوْٓا اِلَيْهِمْ لَعَلَّهُمْ
يَحْذَرُوْنَ ﴿١٢٢﴾

124. Kiam estas sendata ĉapitro, estas iuj inter ili, kiuj diras: "Kiun el vi firmigis ĝi je l' kredo? ". Ĝi tamen firmigas je l' kredo tiujn, kiuj kredas, kaj ili ĝojas pro tio.

125. Por tiuj tamen, en kies koroj estas malsano, ĝi amasigas malpuraĵon sur malpuraĵo kaj ili mortas kiel miskredantoj.

126. Ĉu ili ne vidas, ke ili estas elprovataj ĉiujare unufoje, dufoje? Ili tamen ne pentas nek akceptas admonon.

127. Kiam estas sendata ĉapitro, ili rigardas unu la alian: "Ĉu vin vidas iu ajn? ". Poste ili turnas sin for. Allah malproksimigis iliajn korojn for de la vero, ĉar ili estas popolo nekomprenema.

128. Vere venis al vi sendito el via mezo. Por li estas doloro, ke vi eniras en malfeliĉon; li deziregas vian bonfarton. Kontraŭ la kredantoj li estas milda, pardonema.

129. Se ili tamen turnas sin for, diru: "Allah sufiĉas al mi. Ne ekzistas alia Dio ol Li. Je Li mi fidas kaj Li estas la Sinjoro de la grandega trono".

يٰٓأَيُّهَا الَّذِينَ اٰمَنُوا قٰتِلُوا الَّذِينَ يَلُونَكُم مِّنَ الْكُفَّارِ
وَلْيَجِدُوا فِيكُمْ غِلْظَةً ۚ وَاعْلَمُوٓا أَنَّ اللّٰهَ مَعَ الْمُتَّقِينَ ﴿١٢٣﴾
وَإِذَا مَآ أُنزِلَتْ سُورَةٌ فَمِنْهُم مَّن يَقُولُ أَيُّكُمْ زَادَتْهُ
هٰذِهِۦٓ إِيمٰنًا ۚ فَأَمَّا الَّذِينَ اٰمَنُوا فَزَادَتْهُمْ إِيمٰنًا
وَهُمْ يَسْتَبْشِرُونَ ﴿١٢٤﴾
وَأَمَّا الَّذِينَ فِى قُلُوبِهِم مَّرَضٌ فَزَادَتْهُمْ رِجْسًا
إِلَىٰ رِجْسِهِمْ وَمَاتُوا وَهُمْ كٰفِرُونَ ﴿١٢٥﴾
أَوَلَا يَرَوْنَ أَنَّهُمْ يُفْتَنُونَ فِى كُلِّ عَامٍ مَّرَّةً أَوْ
مَرَّتَيْنِ ثُمَّ لَا يَتُوبُونَ وَلَا هُمْ يَذَّكَّرُونَ ﴿١٢٦﴾
وَإِذَا مَآ أُنزِلَتْ سُورَةٌ نَّظَرَ بَعْضُهُمْ إِلَىٰ بَعْضٍ هَلْ
يَرٰىكُم مِّنْ أَحَدٍ ثُمَّ انصَرَفُوا ۚ صَرَفَ اللّٰهُ قُلُوبَهُم
بِأَنَّهُمْ قَوْمٌ لَّا يَفْقَهُونَ ﴿١٢٧﴾
لَقَدْ جَآءَكُمْ رَسُولٌ مِّنْ أَنفُسِكُمْ عَزِيزٌ عَلَيْهِ مَا
عَنِتُّمْ حَرِيصٌ عَلَيْكُم بِالْمُؤْمِنِينَ رَءُوفٌ
رَّحِيمٌ ﴿١٢٨﴾
فَإِن تَوَلَّوْا فَقُلْ حَسْبِىَ اللّٰهُ لَآ إِلٰهَ إِلَّا هُوَ ۖ
عَلَيْهِ تَوَكَّلْتُ ۖ وَهُوَ رَبُّ الْعَرْشِ الْعَظِيمِ ﴿١٢٩﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Rā**. Tiuj ĉi estas la versoj de la saĝa Libro.

3. Ĉu estas mirinda afero por la homoj, ke Ni inspiris viron el ilia mezo, dirante: "Admonu la homaron kaj donu la bonan novaĵon al la kredantoj, ke por ili estos honora rango apud ilia Sinjoro? ". La miskredantoj diras: "Vere tiu ĉi estas evidenta sorĉisto".

4. Vere via Sinjoro estas Allah, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron en ses tagoj, poste sidiĝis sur la tronon. Li direktas ĉion; ne ekzistas propetanto krom per Lia permeso. Tiu estas Allah, via Sinjoro, do adoru Lin. Ĉu vi ne volas akcepti admonon?

5. Al Li estos la reveno de vi ĉiuj: vera promeso de Allah. Vere Li estigas la kreon, poste igas ĝin reveni por rekompenci la kredantojn kaj la bonfarantojn, laŭ justeco; kaj por la miskredantoj estos trinkaĵo el bolanta akvo kaj dolora puno, ĉar ili miskredis.

6. Estas Li Tiu, kiu igis la sunon brili kaj la lunon lumi kaj fiksis iliajn staciojn, por ke vi sciu la nombron de la jaroj kaj mezuru la tempon. Allah nenion faris krom verece. Li klarigas la signojn por popolo scianta.

7. Vere en la alternado de la nokto kaj de la tago kaj en tio, kion Allah kreis en la ĉieloj kaj sur la tero, estas signoj por popolo respekteganta.

* v. la verson 99an k.sekv.

** Mi, Allah, Ĉiovida

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (1)
الٓرٰ تِلْكَ اٰيٰتُ الْكِتٰبِ الْحَكِيْمِ (2)
اَكَانَ لِلنَّاسِ عَجَبًا اَنْ اَوْحَيْنَآ اِلٰى رَجُلٍ مِّنْهُمْ اَنْ
اَنْذِرِ النَّاسَ وَ بَشِّرِ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا اَنَّ لَهُمْ قَدَمَ
صِدْقٍ عِنْدَ رَبِّهِمْ قَالَ الْكٰفِرُوْنَ اِنَّ هٰذَا لَسٰحِرٌ
مُّبِيْنٌ (3)
اِنَّ رَبَّكُمُ اللّٰهُ الَّذِيْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَ الْاَرْضَ فِيْ
سِتَّةِ اَيَّامٍ ثُمَّ اسْتَوٰى عَلَى الْعَرْشِ يُدَبِّرُ الْاَمْرَ مَا
مِنْ شَفِيْعٍ اِلَّا مِنْۢ بَعْدِ اِذْنِهٖ ذٰلِكُمُ اللّٰهُ رَبُّكُمْ
فَاعْبُدُوْهُ اَفَلَا تَذَكَّرُوْنَ (4)
اِلَيْهِ مَرْجِعُكُمْ جَمِيْعًا وَعْدَ اللّٰهِ حَقًّا اِنَّهٗ يَبْدَؤُا
الْخَلْقَ ثُمَّ يُعِيْدُهٗ لِيَجْزِيَ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَ عَمِلُوا
الصّٰلِحٰتِ بِالْقِسْطِ وَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَهُمْ شَرَابٌ مِّنْ
حَمِيْمٍ وَّ عَذَابٌ اَلِيْمٌ بِمَا كَانُوْا يَكْفُرُوْنَ (5)
هُوَ الَّذِيْ جَعَلَ الشَّمْسَ ضِيَآءً وَّ الْقَمَرَ نُوْرًا وَّ
قَدَّرَهٗ مَنَازِلَ لِتَعْلَمُوْا عَدَدَ السِّنِيْنَ وَ الْحِسَابَ مَا
خَلَقَ اللّٰهُ ذٰلِكَ اِلَّا بِالْحَقِّ يُفَصِّلُ الْاٰيٰتِ لِقَوْمٍ
يَّعْلَمُوْنَ (6)
اِنَّ فِي اخْتِلَافِ الَّيْلِ وَ النَّهَارِ وَ مَا خَلَقَ اللّٰهُ فِي

8. Tiuj tamen, kiuj ne esperas je la renkontiĝo kun Ni, kaj estas kontentaj pri ĉi tiu vivo kaj en ĝi trankviliĝas, kaj tiuj, kiuj ignoras Niajn signojn,

9. estas ili tiuj, kies restadejo estos la fajro pro tio, kion ili meritis.

10. Vere la kredantojn kaj la bonfarantojn gvidos ilia Sinjoro pro ilia kredo. Sub ili fluos riveroj en la ĝardenoj de l' feliĉo.

11. Ilia voko estos tiel: "Ni gloras Vian sanktecon, ho Allah! " kaj ilia saluto estos tiel: "Pacon! " kaj fine ilia voko estos: "Estu laŭdegata Allah, la Sinjoro de l' Universo! ".

12. Se Allah volus akceli la malbonon por la homoj, kiel ili volus akceli sian riĉecon, tiam ilia vivo jam estus finiĝinta; Ni tamen lasas tiujn, kiuj ne esperas je sia renkontiĝo kun Ni, en ilia erarado, vagantajn kiel blinduloj.

13. Kiam malfeliĉo trafas homon, li vokas Nin, kuŝante flanke aŭ sidante aŭ starante, sed kiam Ni forprenis de li lian malfeliĉon, li foriras, kvazaŭ Ni ne estus forpreninta de li la malfeliĉon, kiu trafis lin. Tiel ŝajnas belaj iliaj agoj al la transpaŝantoj.

14. Vere Ni neniigis la generaciojn antaŭ vi, kiam ili malbonfaris, ĉar venis al ili senditoj kun signoj evidentaj, sed ili ne volis kredi. Tiel Ni punas la popolon pekeman.

15. Poste Ni faris vin iliaj posteuloj sur la tero por vidi, kiel vi agos.

16. Kiam estas proklamataj al ili Niaj evidentaj revelacioj, diras tiuj, kiuj ne esperas je la renkontiĝo kun Ni: "Portu alian Koranon ol tiun ĉi, aŭ ŝanĝu ĝin". Diru: "Mi ne rajtas ŝanĝi ĝin propramove. Mi nur sekvas tion, kio estis revelaciita al mi. Vere mi ti-

السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ لَاٰيٰتٍ لِّقَوْمٍ يَّتَّقُوْنَ ﴿٧﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ لَا يَرْجُوْنَ لِقَآءَنَا وَرَضُوْا بِالْحَيٰوةِ الدُّنْيَا
وَاطْمَاَنُّوْا بِهَا وَالَّذِيْنَ هُمْ عَنْ اٰيٰتِنَا غٰفِلُوْنَ ﴿٨﴾
اُولٰٓئِكَ مَاْوٰىهُمُ النَّارُ بِمَا كَانُوْا يَكْسِبُوْنَ ﴿٩﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ يَهْدِيْهِمْ رَبُّهُمْ
بِاِيْمَانِهِمْ ۚ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهِمُ الْاَنْهٰرُ فِيْ جَنّٰتِ
النَّعِيْمِ ﴿١٠﴾
دَعْوٰىهُمْ فِيْهَا سُبْحٰنَكَ اللّٰهُمَّ وَتَحِيَّتُهُمْ فِيْهَا سَلٰمٌ ۚ
وَاٰخِرُ دَعْوٰىهُمْ اَنِ الْحَمْدُ لِلّٰهِ رَبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿١١﴾
وَلَوْ يُعَجِّلُ اللّٰهُ لِلنَّاسِ الشَّرَّ اسْتِعْجَالَهُمْ بِالْخَيْرِ
لَقُضِيَ اِلَيْهِمْ اَجَلُهُمْ ۗ فَنَذَرُ الَّذِيْنَ لَا يَرْجُوْنَ لِقَآءَنَا
فِيْ طُغْيَانِهِمْ يَعْمَهُوْنَ ﴿١٢﴾
وَاِذَا مَسَّ الْاِنْسَانَ الضُّرُّ دَعَانَا لِجَنْۢبِهٖٓ اَوْ قَاعِدًا
اَوْ قَآئِمًا ۚ فَلَمَّا كَشَفْنَا عَنْهُ ضُرَّهٗ مَرَّ كَاَنْ لَّمْ يَدْعُنَآ
اِلٰى ضُرٍّ مَّسَّهٗ ۗ كَذٰلِكَ زُيِّنَ لِلْمُسْرِفِيْنَ مَا كَانُوْا
يَعْمَلُوْنَ ﴿١٣﴾
وَلَقَدْ اَهْلَكْنَا الْقُرُوْنَ مِنْ قَبْلِكُمْ لَمَّا ظَلَمُوْا ۙ
وَجَآءَتْهُمْ رُسُلُهُمْ بِالْبَيِّنٰتِ وَمَا كَانُوْا لِيُؤْمِنُوْا ۗ
كَذٰلِكَ نَجْزِي الْقَوْمَ الْمُجْرِمِيْنَ ﴿١٤﴾
ثُمَّ جَعَلْنٰكُمْ خَلٰٓئِفَ فِي الْاَرْضِ مِنْۢ بَعْدِهِمْ لِنَنْظُرَ
كَيْفَ تَعْمَلُوْنَ ﴿١٥﴾
وَاِذَا تُتْلٰى عَلَيْهِمْ اٰيَاتُنَا بَيِّنٰتٍ ۙ قَالَ الَّذِيْنَ لَا يَرْجُوْنَ

mas, se mi malobeus mian Sinjoron, la punon de la tago terura".

17. Diru: "Se Allah volus, mi ne prezentus ĝin al vi, nek Li sciigus ĝin al vi. Vere antaŭ tio mi jam vivis inter vi. Ĉu vi ne volas kompreni? ".

18. Kiu estas pli pekema ol tiu, kiu elpensas mensogon kontraŭ Allah aŭ rifuzas Liajn signojn? Vere la kulpuloj ne sukcesos.

19. Ili adoras krom Allah ankaŭ tion, kio ne povas utili nek malutili al ili, kaj ili diras: "Ĉi tiuj estas niaj propetantoj ĉe Allah! ". Diru: "Ĉu vi volas sciigi al Allah, kion Li ne scias en la ĉieloj kaj sur la tero? ". Li estas sankta kaj eminenta super tio, kion ili aldonas al Li.

20. Iam la homaro estis unu, sed ili disiĝis kaj, se ne estus anoncita la vorto de via Sinjoro, jam estus juĝite inter ili pri tio, pri kio ili malkonsentis.

21. Ili diras: "Kial ne estis sendita al li signo de lia Sinjoro? ". Diru do: "Vere la Nevideblaĵo apartenas al Allah, do atendu. Mi atendos kun vi".

22. Kiam Ni igis la homojn gustumi la kompaton, post kiam ilin jam frapis malfeliĉo, vidu, ili komencis intrigi, pretigante atakojn kontraŭ Niaj signoj. Diru: "Allah estas pli rapida je l' atako". Niaj senditoj registris, kion vi faris intrigante.

23. Estas Li Tiu, kiu ebligas vin vojaĝi sur la tero kaj sur la maro, ĝis fine, kiam vi* estas sur la ŝipoj kaj veturas sur ili per favora vento kaj ili* ĝojas pro tio, ilin frapas

لِقَآءَنَا ائْتِ بِقُرْءَانٍ غَيْرِ هَٰذَآ أَوْ بَدِّلْهُ قُلْ مَا يَكُونُ
لِيٓ أَنْ أُبَدِّلَهُۥ مِن تِلْقَآئِ نَفْسِيٓ إِنْ أَتَّبِعُ إِلَّا مَا يُوحَىٰٓ
إِلَيَّ إِنِّيٓ أَخَافُ إِنْ عَصَيْتُ رَبِّي عَذَابَ يَوْمٍ عَظِيمٍ ﴿١٦﴾
قُل لَّوْ شَآءَ ٱللَّهُ مَا تَلَوْتُهُۥ عَلَيْكُمْ وَلَآ أَدْرَىٰكُم بِهِۦ
فَقَدْ لَبِثْتُ فِيكُمْ عُمُرًا مِّن قَبْلِهِۦٓ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ﴿١٧﴾
فَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنِ ٱفْتَرَىٰ عَلَى ٱللَّهِ كَذِبًا أَوْ كَذَّبَ بِـَٔايَٰتِهِۦٓ
إِنَّهُۥ لَا يُفْلِحُ ٱلْمُجْرِمُونَ ﴿١٨﴾
وَيَعْبُدُونَ مِن دُونِ ٱللَّهِ مَا لَا يَضُرُّهُمْ وَلَا يَنفَعُهُمْ
وَيَقُولُونَ هَٰٓؤُلَآءِ شُفَعَٰٓؤُنَا عِندَ ٱللَّهِ قُلْ أَتُنَبِّـُٔونَ
ٱللَّهَ بِمَا لَا يَعْلَمُ فِي ٱلسَّمَٰوَٰتِ وَلَا فِي ٱلْأَرْضِ سُبْحَٰنَهُۥ
وَتَعَٰلَىٰ عَمَّا يُشْرِكُونَ ﴿١٩﴾
وَمَا كَانَ ٱلنَّاسُ إِلَّآ أُمَّةً وَٰحِدَةً فَٱخْتَلَفُوا۟ وَلَوْلَا
كَلِمَةٌ سَبَقَتْ مِن رَّبِّكَ لَقُضِيَ بَيْنَهُمْ فِيمَا فِيهِ
يَخْتَلِفُونَ ﴿٢٠﴾
وَيَقُولُونَ لَوْلَآ أُنزِلَ عَلَيْهِ ءَايَةٌ مِّن رَّبِّهِۦ فَقُلْ إِنَّمَا
ٱلْغَيْبُ لِلَّهِ فَٱنتَظِرُوٓا۟ إِنِّي مَعَكُم مِّنَ ٱلْمُنتَظِرِينَ ﴿٢١﴾ ع
وَإِذَآ أَذَقْنَا ٱلنَّاسَ رَحْمَةً مِّنۢ بَعْدِ ضَرَّآءَ مَسَّتْهُمْ
إِذَا لَهُم مَّكْرٌ فِيٓ ءَايَاتِنَا قُلِ ٱللَّهُ أَسْرَعُ مَكْرًا إِنَّ
رُسُلَنَا يَكْتُبُونَ مَا تَمْكُرُونَ ﴿٢٢﴾
هُوَ ٱلَّذِي يُسَيِّرُكُمْ فِي ٱلْبَرِّ وَٱلْبَحْرِ حَتَّىٰٓ إِذَا كُنتُمْ
فِي ٱلْفُلْكِ وَجَرَيْنَ بِهِم بِرِيحٍ طَيِّبَةٍ وَفَرِحُوا۟ بِهَا
جَآءَتْهَا رِيحٌ عَاصِفٌ وَجَآءَهُمُ ٱلْمَوْجُ مِن كُلِّ

* Notu en ĉi tiu verso la nekutiman konstruon kaj la abruptan ŝanĝon de la pronomo "vi" al la formo "ili", por signifi ke komence oni alparolas kredantojn kaj nekredantojn, poste tamen nur la nekredantojn (ili).

uragano kaj venas sur ilin la ondoj el ĉiuj flankoj kaj ili jam opinias, ke ili estas ĉirkaŭotaj – tiam ili vokas Allahon en obeemo al Li: "Se Vi savos nin de tio ni estos dankaj! ".

24. Tamen, kiam Li savis ilin, ili jen komencas perforti kontraŭ justeco en la lando. Ho vi, gentoj! Vere via perforto malutilas al vi mem! Ĝuu la bonajn aĵojn de ĉi tiu vivo, poste al Ni estos via reveno, poste Ni sciigos al vi, kion vi faris.

25. Vere ĉi tiu vivo similas al la akvo, kiun Ni sendas el la nuboj; miksiĝas kun ĝi la vegetaĵoj de la tero, kiujn manĝas la homoj kaj la bestoj, ĝis – la tero intertempe ornamis sin per siaj ornamaĵoj kaj aperis plibeligita kaj ĝiaj loĝantoj supozas, ke ili posedas povon super ĝi – Nia ordono atingas ĝin, nokte aŭ tage, kaj Ni igas ĝin falĉita kampo, kvazaŭ ĝi ne estus fruktinta la antaŭan tagon. Tie! Ni klarigas la signojn por popolo pripensema.

26. Allah invitas al la Domo de la Paco kaj Li gvidas, kiun Li volas, al la rekta vojo.

27. Por tiuj, kiuj bonfaras, estos la plej bona rekompenco kaj eĉ plie. Iliajn vizaĝojn kovros nek mallumo nek honto. Ili estos loĝantoj de l' Paradizo. Tie ili restos por ĉiam.

28. Por tiuj, kiuj agas malbone, estos puno simile malbona kaj ilin kovros honto. Por ili ne estos protektanto antaŭ Allah kaj estos, kvazaŭ kovrus iliajn vizaĝojn mallumaj ĉifonoj de la nokto. Ili estos loĝantoj de l' fajro kaj tie ili restos ĉiam.

29. Pripensu pri la tago, en kiu Ni kunvenigos ilin ĉiujn. Tiam Ni diros al la idolanoj: "Iru al viaj postenoj, vi kaj viaj idoloj! ". Poste Ni disigos ilin, kaj iliaj idoloj diros: "Ne estas ni tiuj, kiujn vi adoris (sed viaj pasioj),

مَكَانٍ وَظَنُّوٓا أَنَّهُمْ أُحِيطَ بِهِمْ دَعَوُا ٱللَّهَ مُخْلِصِينَ
لَهُ ٱلدِّينَ لَئِنْ أَنجَيْتَنَا مِنْ هَٰذِهِۦ لَنَكُونَنَّ مِنَ
ٱلشَّٰكِرِينَ ﴿٢٢﴾
فَلَمَّآ أَنجَىٰهُمْ إِذَا هُمْ يَبْغُونَ فِى ٱلْأَرْضِ بِغَيْرِ ٱلْحَقِّ
يَٰٓأَيُّهَا ٱلنَّاسُ إِنَّمَا بَغْيُكُمْ عَلَىٰٓ أَنفُسِكُم مَّتَٰعَ ٱلْحَيَوٰةِ
ٱلدُّنْيَا ثُمَّ إِلَيْنَا مَرْجِعُكُمْ فَنُنَبِّئُكُم بِمَا كُنتُمْ
تَعْمَلُونَ ﴿٢٣﴾
إِنَّمَا مَثَلُ ٱلْحَيَوٰةِ ٱلدُّنْيَا كَمَآءٍ أَنزَلْنَٰهُ مِنَ ٱلسَّمَآءِ
فَٱخْتَلَطَ بِهِۦ نَبَاتُ ٱلْأَرْضِ مِمَّا يَأْكُلُ ٱلنَّاسُ وَ
ٱلْأَنْعَٰمُ حَتَّىٰٓ إِذَآ أَخَذَتِ ٱلْأَرْضُ زُخْرُفَهَا وَ
ٱزَّيَّنَتْ وَظَنَّ أَهْلُهَآ أَنَّهُمْ قَٰدِرُونَ عَلَيْهَآ أَتَىٰهَآ
أَمْرُنَا لَيْلًا أَوْ نَهَارًا فَجَعَلْنَٰهَا حَصِيدًا كَأَن لَّمْ تَغْنَ
بِٱلْأَمْسِ كَذَٰلِكَ نُفَصِّلُ ٱلْءَايَٰتِ لِقَوْمٍ يَتَفَكَّرُونَ ﴿٢٤﴾
وَٱللَّهُ يَدْعُوٓا إِلَىٰ دَارِ ٱلسَّلَٰمِ وَيَهْدِى مَن يَشَآءُ
إِلَىٰ صِرَٰطٍ مُّسْتَقِيمٍ ﴿٢٥﴾
لِّلَّذِينَ أَحْسَنُوا ٱلْحُسْنَىٰ وَزِيَادَةٌ وَلَا يَرْهَقُ وُجُوهَهُمْ
قَتَرٌ وَلَا ذِلَّةٌ أُولَٰٓئِكَ أَصْحَٰبُ ٱلْجَنَّةِ هُمْ فِيهَا
خَٰلِدُونَ ﴿٢٦﴾
وَٱلَّذِينَ كَسَبُوا ٱلسَّيِّـَٔاتِ جَزَآءُ سَيِّئَةٍ بِمِثْلِهَا وَ
تَرْهَقُهُمْ ذِلَّةٌ مَّا لَهُم مِّنَ ٱللَّهِ مِنْ عَاصِمٍ كَأَنَّمَآ
أُغْشِيَتْ وُجُوهُهُمْ قِطَعًا مِّنَ ٱلَّيْلِ مُظْلِمًا أُولَٰٓئِكَ
أَصْحَٰبُ ٱلنَّارِ هُمْ فِيهَا خَٰلِدُونَ ﴿٢٧﴾

30. Allah sufiĉas kiel atestanto inter ni kaj vi. Vere ni nenion sciis pri via adorado".

31. Tie ekscios ĉiu animo, kion ĝi faris, kaj ili estos rekondukitaj al Allah, ilia vera Majstro, kaj por ili estos perdita tio, kion ili elpensis.

32. Diru: "Kiu provizas por vi el la ĉielo kaj el la tero? Kies estas la povo super la aŭdado kaj super la vidado? Kiu estigas la vivanton el la mortinto kaj estigas la mortinton el la vivanto? Kiu direktas ĉiujn aferojn? ". Ili diros: "Allah". Vi diru: "Ĉu vi ne volas serĉi Lian protekton? ".

33. Tiu estas Allah, via vera Sinjoro. Kio do povas resti post la vero, krom erarado? Kiel vi povas esti tiele devojiĝintaj?

34. Tiel pruviĝis la vero de la vorto de via Sinjoro kontraŭ la ribelantoj: ke ili ne estas kredantoj.

35. Diru: "Ĉu estas inter viaj idoloj iu ajn, kiu povas estigi la kreon kaj poste igi ĝin reveni? ". Diru: "Estas Allah Tiu, kiu estigas la kreon kaj poste igas ĝin reveni. Kial do vi mensogas? ".

36. Diru: "Ĉu estas inter viaj idoloj iu ajn, kiu gvidas al la vero? ". Diru: "Estas Allah Tiu, kiu gvidas al la vero. Ĉu ne estas tiu, kiu gvidas al la vero pli inda je sekvado ol tiu, kiu ne kapablas trovi la vojon, se li mem ne estas gvidata? Kio do okazas al vi? Kiel vi juĝas nun? ".

37. La plej multaj el ili nur sekvas divenon, sed diveno neniom utilas kompare kun la vero. Vere Allah bone scias, kion ili faras.

38. Ĉi tiu Korano ne povas esti elpensita, krom de Allah. Ĝi jen estas certigo de tio, kio venis antaŭe kaj klarigo de la leĝo – en ĝi ne estas dubo – venanta de la Sinjoro de l' Universo.

وَيَوْمَ نَحْشُرُهُمْ جَمِيعًا ثُمَّ نَقُولُ لِلَّذِينَ أَشْرَكُوا
مَكَانَكُمْ أَنتُمْ وَشُرَكَاؤُكُمْ ۚ فَزَيَّلْنَا بَيْنَهُمْ ۖ وَقَالَ
شُرَكَاؤُهُم مَّا كُنتُمْ إِيَّانَا تَعْبُدُونَ ﴿٢٩﴾
فَكَفَىٰ بِاللَّهِ شَهِيدًا بَيْنَنَا وَبَيْنَكُمْ إِن كُنَّا عَنْ
عِبَادَتِكُمْ لَغَافِلِينَ ﴿٣٠﴾
هُنَالِكَ تَبْلُو كُلُّ نَفْسٍ مَّا أَسْلَفَتْ ۚ وَرُدُّوا إِلَى اللَّهِ
ع مَوْلَاهُمُ الْحَقِّ ۖ وَضَلَّ عَنْهُم مَّا كَانُوا يَفْتَرُونَ ﴿٣١﴾
قُلْ مَن يَرْزُقُكُم مِّنَ السَّمَاءِ وَالْأَرْضِ أَمَّن يَمْلِكُ
السَّمْعَ وَالْأَبْصَارَ وَمَن يُخْرِجُ الْحَيَّ مِنَ الْمَيِّتِ
وَيُخْرِجُ الْمَيِّتَ مِنَ الْحَيِّ وَمَن يُدَبِّرُ الْأَمْرَ ۚ
فَسَيَقُولُونَ اللَّهُ ۚ فَقُلْ أَفَلَا تَتَّقُونَ ﴿٣٢﴾
فَذَٰلِكُمُ اللَّهُ رَبُّكُمُ الْحَقُّ ۖ فَمَاذَا بَعْدَ الْحَقِّ إِلَّا
الضَّلَالُ ۖ فَأَنَّىٰ تُصْرَفُونَ ﴿٣٣﴾
كَذَٰلِكَ حَقَّتْ كَلِمَتُ رَبِّكَ عَلَى الَّذِينَ فَسَقُوا
أَنَّهُمْ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿٣٤﴾
قُلْ هَلْ مِن شُرَكَائِكُم مَّن يَبْدَأُ الْخَلْقَ ثُمَّ
يُعِيدُهُ ۚ قُلِ اللَّهُ يَبْدَأُ الْخَلْقَ ثُمَّ يُعِيدُهُ ۖ فَأَنَّىٰ
تُؤْفَكُونَ ﴿٣٥﴾
قُلْ هَلْ مِن شُرَكَائِكُم مَّن يَهْدِي إِلَى الْحَقِّ ۚ قُلِ
اللَّهُ يَهْدِي لِلْحَقِّ ۗ أَفَمَن يَهْدِي إِلَى الْحَقِّ أَحَقُّ
أَن يُتَّبَعَ أَمَّن لَّا يَهِدِّي إِلَّا أَن يُهْدَىٰ ۖ فَمَا لَكُمْ
كَيْفَ تَحْكُمُونَ ﴿٣٦﴾

39. Ĉu ili diras: ”Li elpensis ĝin? ”; diru: ”Estigu similan ĉapitron kaj voku, kiun vi volas, krom Allahon, se vi estas sinceraj”.

40. Ne! Ili rifuzis, kion ili ne kapablis kapti per sia scio, kaj ankoraŭ ne atingis ilin ĝia signifo. Tiel ankaŭ rifuzis tiuj, kiuj estis antaŭ ili. Rigardu do, kiel finiĝis la malbonfarantoj!

41. Inter ili estas iuj, kiuj kredas je ĝi, kaj aliaj, kiuj ne kredas je ĝi. Via Sinjoro bone konas la malpacemulojn.

42. Se ili kulpigas vin pri mensogo, diru: ”Por mi estas miaj verkoj kaj por vi viaj; vi ne devas responsi pri tio, kion mi faras, kaj mi ne devas responsi pri tio, kion vi faras”.

43. Inter ili estas iuj, kiuj aŭskultas vin. Ĉu vi tamen povas igi la surdulojn aŭdantaj, kvankam ili ne perceptas?

44. Inter ili estas iuj, kiuj rigardas vin. Ĉu vi tamen povas montri la vojon al la blinduloj, kvankam ili ne vidas?

45. Vere Allah ne faras maljustecon kontraŭ la homoj, sed la homoj faras maljustecon kontraŭ si mem.

46. En la tago, en kiu Li kunvenigos ilin, ŝajnos al ili, kvazaŭ ili estus restintaj nur unu horon el unu tago. Ili rekonos unu la alian. Vere perdantoj estos tiuj, kiuj negis la renkontiĝon kun Allah, kaj ili ne estos gvidataj.

47. Ĉu Ni montros al vi iujn el la turmentoj, pri kiuj Ni ilin minacis, ĉu Ni antaŭe igos vin morti, ĉiukaze ili revenos al Ni. Poste Allah estas atestanto de tio, kion ili faras.

وَمَا يَتَّبِعُ اَكْثَرُهُمْ اِلَّا ظَنًّا ۭ اِنَّ الظَّنَّ لَا يُغْنِيْ
مِنَ الْحَقِّ شَيْـًٔا ۭ اِنَّ اللّٰهَ عَلِيْمٌۢ بِمَا يَفْعَلُوْنَ ﴿٣٦﴾
وَمَا كَانَ هٰذَا الْقُرْاٰنُ اَنْ يُّفْتَرٰي مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ
وَلٰكِنْ تَصْدِيْقَ الَّذِيْ بَيْنَ يَدَيْهِ وَتَفْصِيْلَ الْكِتٰبِ
لَا رَيْبَ فِيْهِ مِنْ رَّبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٣٧﴾
اَمْ يَقُوْلُوْنَ افْتَرٰىهُ ۭ قُلْ فَاْتُوْا بِسُوْرَةٍ مِّثْلِهٖ وَادْعُوْا
مَنِ اسْتَطَعْتُمْ مِّنْ دُوْنِ اللّٰهِ اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿٣٨﴾
بَلْ كَذَّبُوْا بِمَا لَمْ يُحِيْطُوْا بِعِلْمِهٖ وَلَمَّا يَاْتِهِمْ تَاْوِيْلُهٗ
كَذٰلِكَ كَذَّبَ الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ فَانْظُرْ كَيْفَ كَانَ
عَاقِبَةُ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٣٩﴾
وَمِنْهُمْ مَّنْ يُّؤْمِنُ بِهٖ وَمِنْهُمْ مَّنْ لَّا يُؤْمِنُ بِهٖ
وَرَبُّكَ اَعْلَمُ بِالْمُفْسِدِيْنَ ﴿٤٠﴾ ع
وَاِنْ كَذَّبُوْكَ فَقُلْ لِّيْ عَمَلِيْ وَلَكُمْ عَمَلُكُمْ ۚ اَنْتُمْ
بَرِيْۗـــُٔوْنَ مِمَّآ اَعْمَلُ وَاَنَا بَرِيْۗءٌ مِّمَّا تَعْمَلُوْنَ ﴿٤١﴾
وَمِنْهُمْ مَّنْ يَّسْتَمِعُوْنَ اِلَيْكَ ۭ اَفَاَنْتَ تُسْمِعُ الصُّمَّ
وَلَوْ كَانُوْا لَا يَعْقِلُوْنَ ﴿٤٢﴾
وَمِنْهُمْ مَّنْ يَّنْظُرُ اِلَيْكَ ۭ اَفَاَنْتَ تَهْدِي الْعُمْيَ
وَلَوْ كَانُوْا لَا يُبْصِرُوْنَ ﴿٤٣﴾
اِنَّ اللّٰهَ لَا يَظْلِمُ النَّاسَ شَيْـــًٔا وَّلٰكِنَّ النَّاسَ
اَنْفُسَهُمْ يَظْلِمُوْنَ ﴿٤٤﴾
وَيَوْمَ يَحْشُرُهُمْ كَاَنْ لَّمْ يَلْبَثُوْٓا اِلَّا سَاعَةً مِّنَ
النَّهَارِ يَتَعَارَفُوْنَ بَيْنَهُمْ ۭ قَدْ خَسِرَ الَّذِيْنَ كَذَّبُوْا

48. Por ĉiu popolo estas unu sendito. Kiam do sendito venas, li juĝas inter ili laŭ justeco; neniu maljusteco trafos ilin.

49. Ili diras: "Kiam estos plenumita ĉi tiu promeso, se vi estas sinceraj? ".

50. Diru: "Mi ne havas povon super malbono aŭ bono por mia animo, krom laŭ la volo de Allah. Ĉiu popolo havas limtempon, kaj kiam ĝi pasis, ili ne povas resti malantaŭe nek akceli eĉ je unu horo.

51. Diru: "Kion vi opinias? Kiam venos sur vin la puno, nokte aŭ tage, kiel fuĝos de ĝi la kulpuloj?

52. Ĉu vi volas kredi je ĝi nur, kiam ĝi okazos? Kiel? Nun! Ĉu vi vere volas akceli ĝin? ".

53. Poste estas dirite al la malbonfarantoj: "Gustumu la turmenton en la eterneco. Vi ricevas nur la punon pro tio, kion vi meritis".

54. Ili demandas vin: "Ĉu estas vere? ". Diru: "Jes, per mia Sinjoro! Plej certe estas vere, kaj vi ne povas malhelpi ĝin".

55. Se ĉiu animo, kiu malbonfaris, posedus ĉion, kio ekzistas sur la tero, ĝi klopodus elaĉeti sin per ĝi. Ili kaŝos sian penton, kiam ili vidos la punon. Estos juĝite inter ili laŭ justeco, kaj al ili ne estos farita maljusteco.

56. Aŭskultu! De Allah estas ĉio, kio ekzistas en la ĉieloj kaj sur la tero. Aŭskultu! La promeso de Allah estas vera! Tamen la plej multaj el ili ne scias.

بِلِقَآءِ اللّٰهِ وَمَا كَانُوْا مُهْتَدِيْنَ ﴿٤٥﴾
وَإِمَّا نُرِيَنَّكَ بَعْضَ الَّذِيْ نَعِدُهُمْ أَوْ نَتَوَفَّيَنَّكَ فَإِلَيْنَا
مَرْجِعُهُمْ ثُمَّ اللّٰهُ شَهِيْدٌ عَلٰى مَا يَفْعَلُوْنَ ﴿٤٦﴾
وَلِكُلِّ أُمَّةٍ رَّسُوْلٌ ۚ فَإِذَا جَآءَ رَسُوْلُهُمْ قُضِيَ بَيْنَهُمْ
بِالْقِسْطِ وَهُمْ لَا يُظْلَمُوْنَ ﴿٤٧﴾
وَيَقُوْلُوْنَ مَتٰى هٰذَا الْوَعْدُ إِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿٤٨﴾
قُلْ لَّآ أَمْلِكُ لِنَفْسِيْ ضَرًّا وَّلَا نَفْعًا إِلَّا مَا شَآءَ اللّٰهُ ۗ
لِكُلِّ أُمَّةٍ أَجَلٌ ۚ إِذَا جَآءَ أَجَلُهُمْ فَلَا يَسْتَأْخِرُوْنَ
سَاعَةً وَّلَا يَسْتَقْدِمُوْنَ ﴿٤٩﴾
قُلْ أَرَءَيْتُمْ إِنْ أَتٰىكُمْ عَذَابُهٗ بَيَاتًا أَوْ نَهَارًا مَّاذَا
يَسْتَعْجِلُ مِنْهُ الْمُجْرِمُوْنَ ﴿٥٠﴾
أَثُمَّ إِذَا مَا وَقَعَ اٰمَنْتُمْ بِهٖ ۚ اٰلْئٰنَ وَقَدْ كُنْتُمْ بِهٖ
تَسْتَعْجِلُوْنَ ﴿٥١﴾
ثُمَّ قِيْلَ لِلَّذِيْنَ ظَلَمُوْا ذُوْقُوْا عَذَابَ الْخُلْدِ ۚ هَلْ
تُجْزَوْنَ إِلَّا بِمَا كُنْتُمْ تَكْسِبُوْنَ ﴿٥٢﴾
وَيَسْتَنْبِئُوْنَكَ أَحَقٌّ هُوَ ۖ قُلْ إِيْ وَرَبِّيْٓ إِنَّهٗ لَحَقٌّ ۚ
وَمَآ أَنْتُمْ بِمُعْجِزِيْنَ ﴿٥٣﴾ ع
وَلَوْ أَنَّ لِكُلِّ نَفْسٍ ظَلَمَتْ مَا فِي الْأَرْضِ لَافْتَدَتْ
بِهٖ ۗ وَأَسَرُّوا النَّدَامَةَ لَمَّا رَأَوُا الْعَذَابَ ۚ وَقُضِيَ
بَيْنَهُمْ بِالْقِسْطِ وَهُمْ لَا يُظْلَمُوْنَ ﴿٥٤﴾
أَلَآ إِنَّ لِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ ۗ أَلَآ إِنَّ وَعْدَ
اللّٰهِ حَقٌّ وَّلٰكِنَّ أَكْثَرَهُمْ لَا يَعْلَمُوْنَ ﴿٥٥﴾

57. Li donas la vivon kaj la morton kaj al Li estos via reveno.

هُوَ يُحْيِي وَيُمِيتُ وَإِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿٥٦﴾

58. Ho vi, homoj! Vere venis al vi la admono de via Sinjoro kaj la resanigo por tio, kio estas en la brustoj, kaj gvidilo kaj kompato por la kredantoj.

يَا أَيُّهَا النَّاسُ قَدْ جَاءَتْكُمْ مَوْعِظَةٌ مِنْ رَبِّكُمْ وَشِفَاءٌ لِمَا فِي الصُّدُورِ وَهُدًى وَرَحْمَةٌ لِلْمُؤْمِنِينَ ﴿٥٧﴾

59. Diru: "Per la graco de Allah kaj per Lia kompato; tial ili ĝoju. Li estas pli bona ol tio, kion ili amasigas".

قُلْ بِفَضْلِ اللَّهِ وَبِرَحْمَتِهِ فَبِذَٰلِكَ فَلْيَفْرَحُوا هُوَ خَيْرٌ مِمَّا يَجْمَعُونَ ﴿٥٨﴾

60. Diru: "Ĉu vi pripensas, ke Allah sendis al vi ĉiujn nutraĵojn, sed vi malpermesis iujn el ili kaj permesis aliajn? ". Diru: "Ĉu Allah permesis al vi tion, aŭ vi elpensis mensogon kontraŭ Allah? ".

قُلْ أَرَأَيْتُمْ مَا أَنْزَلَ اللَّهُ لَكُمْ مِنْ رِزْقٍ فَجَعَلْتُمْ مِنْهُ حَرَامًا وَحَلَالًا قُلْ آللَّهُ أَذِنَ لَكُمْ أَمْ عَلَى اللَّهِ تَفْتَرُونَ ﴿٥٩﴾

61. Kion imagas tiuj, kiuj elpensis mensogon kontraŭ Allah pri la tago de la reviviĝo? Vere Allah estas plena de graco por la homoj, sed la plej multaj el ili ne estas dankaj.

وَمَا ظَنُّ الَّذِينَ يَفْتَرُونَ عَلَى اللَّهِ الْكَذِبَ يَوْمَ الْقِيَامَةِ إِنَّ اللَّهَ لَذُو فَضْلٍ عَلَى النَّاسِ وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَهُمْ لَا يَشْكُرُونَ ﴿٦٠﴾ ع

62. Vi ne estas okupita pri io ajn kaj vi ne eldiras de Li iun parton de la Korano kaj vi nenion faras ekstere de Nia ĉeesto, dum vi estas okupitaj pri ĝi. Ne estas kaŝita de via Sinjoro eĉ unu sablero sur la tero kaj en la ĉielo, kaj ne ekzistas io ajn eĉ pli malgranda ol ĝi, aŭ pli granda, kiu ne estus registrita en klara Libro.

وَمَا تَكُونُ فِي شَأْنٍ وَمَا تَتْلُو مِنْهُ مِنْ قُرْآنٍ وَلَا تَعْمَلُونَ مِنْ عَمَلٍ إِلَّا كُنَّا عَلَيْكُمْ شُهُودًا إِذْ تُفِيضُونَ فِيهِ وَمَا يَعْزُبُ عَنْ رَبِّكَ مِنْ مِثْقَالِ ذَرَّةٍ فِي الْأَرْضِ وَلَا فِي السَّمَاءِ وَلَا أَصْغَرَ مِنْ ذَٰلِكَ وَلَا أَكْبَرَ إِلَّا فِي كِتَابٍ مُبِينٍ ﴿٦١﴾

63. Aŭskultu! Sur la amikojn de Allah ne venos timo kaj por ili ne estos malgajeco.

أَلَا إِنَّ أَوْلِيَاءَ اللَّهِ لَا خَوْفٌ عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ يَحْزَنُونَ ﴿٦٢﴾

64. Tiuj, kiuj kredas kaj respektegas,

الَّذِينَ آمَنُوا وَكَانُوا يَتَّقُونَ ﴿٦٣﴾

65. por ili estas la bona novaĵo en ĉi tiu vivo kaj en la vivo venonta. Neŝanĝeblaj estas la vortoj de Allah. Tio estas la plej granda feliĉo.

لَهُمُ الْبُشْرَىٰ فِي الْحَيَاةِ الدُّنْيَا وَفِي الْآخِرَةِ لَا تَبْدِيلَ لِكَلِمَاتِ اللَّهِ ذَٰلِكَ هُوَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿٦٤﴾

وَلَا يَحْزُنْكَ قَوْلُهُمْ إِنَّ الْعِزَّةَ لِلَّهِ جَمِيعًا هُوَ السَّمِيعُ

66. Ne afliktu vin iliaj vortoj. Ĉiu povo apartenas al Allah. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

67. Aŭskultu! Al Allah apartenas, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Tiuj, kiuj vokas aliajn ol Allahon, ne fakte sekvas ilin; ili nur sekvas supozon kaj ili nur divenas.

68. Estas Li Tiu, kiu kreis la nokton por vi, por ke vi ripozu en ĝi, kaj la tagon luman. Vere en tiuj aĵoj estas signoj por la popolo aŭdanta.

69. Ili diras: "Allah prenis al Si filon". Sankta Li estas! Li estas la Memsufiĉa. Al Li apartenas, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Vi ne havas rajton por diri tion. Ĉu vi volas diri pri Allah, kion vi ne scias?

70. Diru: "Tiuj, kiuj elpensas mensogon kontraŭ Allah, ne sukcesos".

71. Iom da ĝojo en ĉi tiu vivo, poste al Ni estos ilia reveno. Poste Ni igos ilin gustumi la severan punon, ĉar ili estis miskredantoj.

72. Eldiru al ili la rakonton de Noa, kiam li diris al sia popolo: "Ho mia popolo! Se vin ĉagrenas mia rango kaj mia admono per la signoj de Allah – je Allah mi fidas – kunigu viajn fortojn kaj viajn idolojn, kaj ne lasu viajn klopodojn en la mallumo, sed agu kontraŭ mi kaj ne konsentu al mi batalhalton.

73. Se vi turnos vin for, tiam mi ne demandos de vi rekompencon. Mia rekompenco nur estas ĉe Allah. Al mi estis ordonite esti unu el la submetiĝantoj.

الْعَلِيمُ ﴿٦٥﴾
أَلَا إِنَّ لِلَّهِ مَن فِي السَّمَاوَاتِ وَمَن فِي الْأَرْضِ ۗ وَمَا
يَتَّبِعُ الَّذِينَ يَدْعُونَ مِن دُونِ اللَّهِ شُرَكَاءَ ۚ إِن
يَتَّبِعُونَ إِلَّا الظَّنَّ وَإِنْ هُمْ إِلَّا يَخْرُصُونَ ﴿٦٦﴾
هُوَ الَّذِي جَعَلَ لَكُمُ اللَّيْلَ لِتَسْكُنُوا فِيهِ وَالنَّهَارَ
مُبْصِرًا ۚ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِّقَوْمٍ يَسْمَعُونَ ﴿٦٧﴾
قَالُوا اتَّخَذَ اللَّهُ وَلَدًا ۗ سُبْحَانَهُ ۖ هُوَ الْغَنِيُّ ۖ لَهُ مَا فِي
السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ ۚ إِنْ عِندَكُم مِّن سُلْطَانٍ
بِهَٰذَا ۚ أَتَقُولُونَ عَلَى اللَّهِ مَا لَا تَعْلَمُونَ ﴿٦٨﴾
قُلْ إِنَّ الَّذِينَ يَفْتَرُونَ عَلَى اللَّهِ الْكَذِبَ لَا
يُفْلِحُونَ ﴿٦٩﴾
مَتَاعٌ فِي الدُّنْيَا ثُمَّ إِلَيْنَا مَرْجِعُهُمْ ثُمَّ نُذِيقُهُمُ
الْعَذَابَ الشَّدِيدَ بِمَا كَانُوا يَكْفُرُونَ ﴿٧٠﴾ ع
وَاتْلُ عَلَيْهِمْ نَبَأَ نُوحٍ إِذْ قَالَ لِقَوْمِهِ يَا قَوْمِ إِن
كَانَ كَبُرَ عَلَيْكُم مَّقَامِي وَتَذْكِيرِي بِآيَاتِ اللَّهِ فَعَلَى
اللَّهِ تَوَكَّلْتُ فَأَجْمِعُوا أَمْرَكُمْ وَشُرَكَاءَكُمْ ثُمَّ لَا يَكُنْ
أَمْرُكُمْ عَلَيْكُمْ غُمَّةً ثُمَّ اقْضُوا إِلَيَّ وَلَا تُنظِرُونِ ﴿٧١﴾
فَإِن تَوَلَّيْتُمْ فَمَا سَأَلْتُكُم مِّنْ أَجْرٍ ۖ إِنْ أَجْرِيَ إِلَّا
عَلَى اللَّهِ ۖ وَأُمِرْتُ أَنْ أَكُونَ مِنَ الْمُسْلِمِينَ ﴿٧٢﴾
فَكَذَّبُوهُ فَنَجَّيْنَاهُ وَمَن مَّعَهُ فِي الْفُلْكِ وَجَعَلْنَاهُمْ
خَلَائِفَ وَأَغْرَقْنَا الَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيَاتِنَا ۖ فَانظُرْ كَيْفَ
كَانَ عَاقِبَةُ الْمُنذَرِينَ ﴿٧٣﴾

74. Tamen ili rifuzis lin kaj tial Ni savis lin. Kiu estis kun li, tiu estis en la arkeo kaj Ni faris ilin heredantoj, kaj Ni dronigis tiujn, kiuj rifuzis Niajn signojn. Rigardu do, kiel estis la fino de la admonitoj!

75. Poste Ni sendis post li aliajn senditojn, al ilia popolo, kaj ili portis evidentajn signojn. Ili tamen ne volis kredi al ili, ĉar ili jam rifuzis ilin antaŭe. Tiel Ni sigelas la korojn de la transpaŝantoj.

76. Poste Ni sendis post ili Moseon kaj Aaronon al Faraono kaj al liaj estroj kun Niaj signoj, sed ili kondutis fierege kaj ili estis popolo pekema.

77. Kiam venis al ili la vero de Ni, ili diris: ”Vere tio ĉi estas evidenta magio”.

78. Diris Moseo: ”Ĉu vi diras tion pri la vero, kiu venis al vi? Ĉu tio estas magio? La sorĉistoj neniam havos sukceson”.

79. Ili diris: ”Ĉu vi venis por konverti nin for de tio, en kio ni trovis niajn patrojn, por ke al vi ambaŭ apartenu la regado de la lando? Ni tamen ne volas kredi al vi ambaŭ”.

80. Diris Faraono: ”Konduku al mi ĉiujn sorĉistojn”.

81. Kiam alvenis la sorĉistoj, diris al ili Moseo: ”Ĵetu, kion vi havas por ĵeti! ”.

82. Kiam ili estis ĵetintaj, diris Moseo: ”Tio, kion vi alportis, estas magio. Allah certe neniigos ĝin. Allah certe ne permesas, ke la verkoj de la malpacemuloj prosperu.

83. Allah certigas la veron per Siaj vortoj, eĉ se tio ne plaĉas al la pekuloj”.

ثُمَّ بَعَثْنَا مِنْ بَعْدِهِ رُسُلًا إِلَىٰ قَوْمِهِمْ فَجَاءُوهُمْ
بِالْبَيِّنَاتِ فَمَا كَانُوا لِيُؤْمِنُوا بِمَا كَذَّبُوا بِهِ مِنْ قَبْلُ
كَذَٰلِكَ نَطْبَعُ عَلَىٰ قُلُوبِ الْمُعْتَدِينَ ﴿٧٥﴾
ثُمَّ بَعَثْنَا مِنْ بَعْدِهِمْ مُوسَىٰ وَهَارُونَ إِلَىٰ فِرْعَوْنَ
وَمَلَئِهِ بِآيَاتِنَا فَاسْتَكْبَرُوا وَكَانُوا قَوْمًا مُجْرِمِينَ ﴿٧٦﴾
فَلَمَّا جَاءَهُمُ الْحَقُّ مِنْ عِنْدِنَا قَالُوا إِنَّ هَٰذَا لَسِحْرٌ
مُبِينٌ ﴿٧٧﴾
قَالَ مُوسَىٰ أَتَقُولُونَ لِلْحَقِّ لَمَّا جَاءَكُمْ أَسِحْرٌ هَٰذَا
وَلَا يُفْلِحُ السَّاحِرُونَ ﴿٧٨﴾
قَالُوا أَجِئْتَنَا لِتَلْفِتَنَا عَمَّا وَجَدْنَا عَلَيْهِ آبَاءَنَا وَ
تَكُونَ لَكُمَا الْكِبْرِيَاءُ فِي الْأَرْضِ وَمَا نَحْنُ لَكُمَا
بِمُؤْمِنِينَ ﴿٧٩﴾
وَقَالَ فِرْعَوْنُ ائْتُونِي بِكُلِّ سَاحِرٍ عَلِيمٍ ﴿٨٠﴾
فَلَمَّا جَاءَ السَّحَرَةُ قَالَ لَهُمْ مُوسَىٰ أَلْقُوا مَا أَنْتُمْ
مُلْقُونَ ﴿٨١﴾
فَلَمَّا أَلْقَوْا قَالَ مُوسَىٰ مَا جِئْتُمْ بِهِ السِّحْرُ إِنَّ اللَّهَ
سَيُبْطِلُهُ إِنَّ اللَّهَ لَا يُصْلِحُ عَمَلَ الْمُفْسِدِينَ ﴿٨٢﴾
وَيُحِقُّ اللَّهُ الْحَقَّ بِكَلِمَاتِهِ وَلَوْ كَرِهَ الْمُجْرِمُونَ ﴿٨٣﴾
فَمَا آمَنَ لِمُوسَىٰ إِلَّا ذُرِّيَّةٌ مِنْ قَوْمِهِ عَلَىٰ خَوْفٍ
مِنْ فِرْعَوْنَ وَمَلَئِهِمْ أَنْ يَفْتِنَهُمْ وَإِنَّ فِرْعَوْنَ
لَعَالٍ فِي الْأَرْضِ وَإِنَّهُ لَمِنَ الْمُسْرِفِينَ ﴿٨٤﴾
وَقَالَ مُوسَىٰ يَا قَوْمِ إِنْ كُنْتُمْ آمَنْتُمْ بِاللَّهِ فَعَلَيْهِ

84. Al Moseo kredis nur iuj junuloj el lia popolo, ĉar oni timis Faraonon kaj liajn estrojn, ke ili persekutos ilin. Vere Faraono estis potenca en la lando kaj certe li estis transpaŝanto.

85. Moseo diris: "Ho mia popolo! Kiel vi kredis je Allah, do fidu je Li, se vi estas vere submetiĝintaj".

86. Ili diris: "Ni konfidas je Allah; nia Sinjoro, ne faru nin objekto de tento por la popolo malbonfaranta*.

87. kaj savu nin, per Via kompato, de la popolo miskredanta".

88. Ni diris al Moseo kaj al lia frato: "Pretigu por via popolo domojn en Egiptujo kaj konstruu ilin vidalvide kaj levu la preĝon" kaj "Donu la bonan novaĵon! ".

89. Diris Moseo: "Nia Sinjoro, vere Vi donis al Faraono kaj al liaj estroj riĉecon kaj idojn en ĉi tiu vivo; nia Sinjoro, ili devojigas de Via afero; nia Sinjoro, neniigu iliajn propraĵojn kaj trafu iliajn korojn: ili ne kredos, dum ili ne vidos la doloran punon".

90. Li diris: "Estas aŭskultita via peto, do persistu kaj ne sekvu la aferon de la nesciantoj".

91. Ni kondukis la idojn de Izrael trans la maron, kaj Faraono kaj liaj armeoj persekutis ilin maljuste kaj malamike, ĝis alproksimiĝis la drono kaj li diris: "Mi kredas, ke ne ekzistas alia Dio ol Tiu, je kiu kredas la idoj de Izrael, kaj mi estas unu el la submetiĝintoj".

92. Kiel? Nun? Vere vi estis ĝis nun malobeema kaj vi estis unu el la malpacemuloj.

* t.e.: tiel, ke ili inklinus ataki nin

تَوَكَّلُوٓا إِن كُنتُم مُّسْلِمِينَ ﴿٨٥﴾
فَقَالُوا عَلَى ٱللَّهِ تَوَكَّلْنَا رَبَّنَا لَا تَجْعَلْنَا فِتْنَةً لِّلْقَوْمِ
ٱلظَّٰلِمِينَ ﴿٨٦﴾
وَنَجِّنَا بِرَحْمَتِكَ مِنَ ٱلْقَوْمِ ٱلْكَٰفِرِينَ ﴿٨٧﴾
وَأَوْحَيْنَآ إِلَىٰ مُوسَىٰ وَأَخِيهِ أَن تَبَوَّءَا لِقَوْمِكُمَا
بِمِصْرَ بُيُوتًا وَٱجْعَلُوا بُيُوتَكُمْ قِبْلَةً وَأَقِيمُوا ٱلصَّلَوٰةَ
وَبَشِّرِ ٱلْمُؤْمِنِينَ ﴿٨٨﴾
وَقَالَ مُوسَىٰ رَبَّنَآ إِنَّكَ ءَاتَيْتَ فِرْعَوْنَ وَمَلَأَهُۥ
زِينَةً وَأَمْوَٰلًا فِى ٱلْحَيَوٰةِ ٱلدُّنْيَا رَبَّنَا لِيُضِلُّوا
عَن سَبِيلِكَ رَبَّنَا ٱطْمِسْ عَلَىٰٓ أَمْوَٰلِهِمْ وَٱشْدُدْ
عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ فَلَا يُؤْمِنُوا حَتَّىٰ يَرَوُا ٱلْعَذَابَ ٱلْأَلِيمَ ﴿٨٩﴾
قَالَ قَدْ أُجِيبَت دَّعْوَتُكُمَا فَٱسْتَقِيمَا وَلَا تَتَّبِعَآنِّ
سَبِيلَ ٱلَّذِينَ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٩٠﴾
وَجَٰوَزْنَا بِبَنِىٓ إِسْرَٰٓءِيلَ ٱلْبَحْرَ فَأَتْبَعَهُمْ فِرْعَوْنُ
وَجُنُودُهُۥ بَغْيًا وَعَدْوًا حَتَّىٰٓ إِذَآ أَدْرَكَهُ ٱلْغَرَقُ قَالَ
ءَامَنتُ أَنَّهُۥ لَآ إِلَٰهَ إِلَّا ٱلَّذِىٓ ءَامَنَتْ بِهِۦ بَنُوٓا إِسْرَٰٓءِيلَ
وَأَنَا۠ مِنَ ٱلْمُسْلِمِينَ ﴿٩١﴾
ءَآلْـَٰٔنَ وَقَدْ عَصَيْتَ قَبْلُ وَكُنتَ مِنَ ٱلْمُفْسِدِينَ ﴿٩٢﴾
فَٱلْيَوْمَ نُنَجِّيكَ بِبَدَنِكَ لِتَكُونَ لِمَنْ خَلْفَكَ ءَايَةً
وَإِنَّ كَثِيرًا مِّنَ ٱلنَّاسِ عَنْ ءَايَٰتِنَا لَغَٰفِلُونَ ﴿٩٣﴾
وَلَقَدْ بَوَّأْنَا بَنِىٓ إِسْرَٰٓءِيلَ مُبَوَّأَ صِدْقٍ وَرَزَقْنَٰهُم
مِّنَ ٱلطَّيِّبَٰتِ فَمَا ٱخْتَلَفُوا حَتَّىٰ جَآءَهُمُ ٱلْعِلْمُ إِنَّ

93. Ni tamen volas savi hodiaŭ vian korpon, por ke vi mem estu signo por la posteuloj. Certe la plej multaj el la homoj ignoras Niajn signojn.

94. Vere Ni pretigis por la idoj de Izrael bonegan loĝejon kaj provizis ilin per bonaj aĵoj kaj ili malkonsentis nur, kiam ili atingis la veran scion. Vere via Sinjoro juĝos inter ili en la tago de la reviviĝo pri tio, pri kio ili malkonsentis.

95. Se vi estas en dubo pri tio, kion Ni sendis al vi, tiam demandu tiujn, kiuj legis la Libron antaŭ vi; vere venis al vi la vero de via Sinjoro; do ne estu dubanto.

96. Same vi ne estu unu el tiuj, kiuj rifuzas la signojn de Allah, kaj ne estu unu el la perdantoj.

97. Vere tiuj, kontraŭ kiuj estis eldirita la verdikto de via Sinjoro, ne kredus,

98. eĉ se venus al ili ĉiu ajn signo, dum ili ne vidos la doloran punon.

99. Kial ne estis popolo, krom la popolo de Jona, kiu kredis tiel firme, ke ilia kredo fruktis? Kiam ili kredis, Ni forprenis de ili la punon de la honto en ĉi tiu vivo kaj Ni provizis ilin por iom da tempo.

100. Se via Sinjoro volus, certe ĉiuj kune sur la tero estus kredintaj. Ĉu ĝuste vi do volas devigi la homojn fariĝi kredantoj?

101. Ne estas donite al iu ajn kredi krom per la permeso de Allah. Li sendas Sian koleron sur tiujn, kiuj ne volas rezoni.

102. Diru: "Rigardu do tion, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero! Neniom utilas la signoj kaj la admonoj al la popolo miskredanta.

رَبَّكَ يَقْضِي بَيْنَهُمْ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ فِيْمَا كَانُوْا فِيْهِ
يَخْتَلِفُوْنَ ﴿٩٤﴾
فَإِنْ كُنْتَ فِيْ شَكٍّ مِّمَّآ أَنْزَلْنَآ إِلَيْكَ فَسْـَٔلِ الَّذِيْنَ
يَقْرَءُوْنَ الْكِتٰبَ مِنْ قَبْلِكَ لَقَدْ جَآءَكَ الْحَقُّ مِنْ
رَّبِّكَ فَلَا تَكُوْنَنَّ مِنَ الْمُمْتَرِيْنَ ﴿٩٥﴾
وَلَا تَكُوْنَنَّ مِنَ الَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِ اللّٰهِ فَتَكُوْنَ
مِنَ الْخٰسِرِيْنَ ﴿٩٦﴾
إِنَّ الَّذِيْنَ حَقَّتْ عَلَيْهِمْ كَلِمَتُ رَبِّكَ لَا يُؤْمِنُوْنَ ﴿٩٧﴾
وَلَوْ جَآءَتْهُمْ كُلُّ اٰيَةٍ حَتّٰى يَرَوُا الْعَذَابَ الْأَلِيْمَ ﴿٩٨﴾
فَلَوْلَا كَانَتْ قَرْيَةٌ اٰمَنَتْ فَنَفَعَهَآ إِيْمَانُهَآ إِلَّا قَوْمَ
يُوْنُسَ لَمَّآ اٰمَنُوْا كَشَفْنَا عَنْهُمْ عَذَابَ الْخِزْيِ فِي
الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا وَمَتَّعْنٰهُمْ إِلٰى حِيْنٍ ﴿٩٩﴾
وَلَوْ شَآءَ رَبُّكَ لَاٰمَنَ مَنْ فِي الْأَرْضِ كُلُّهُمْ جَمِيْعًا
أَفَأَنْتَ تُكْرِهُ النَّاسَ حَتّٰى يَكُوْنُوْا مُؤْمِنِيْنَ ﴿١٠٠﴾
وَمَا كَانَ لِنَفْسٍ أَنْ تُؤْمِنَ إِلَّا بِإِذْنِ اللّٰهِ وَيَجْعَلُ
الرِّجْسَ عَلَى الَّذِيْنَ لَا يَعْقِلُوْنَ ﴿١٠١﴾
قُلِ انْظُرُوْا مَاذَا فِي السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ وَمَا تُغْنِي
الْاٰيٰتُ وَالنُّذُرُ عَنْ قَوْمٍ لَّا يُؤْمِنُوْنَ ﴿١٠٢﴾
فَهَلْ يَنْتَظِرُوْنَ إِلَّا مِثْلَ أَيَّامِ الَّذِيْنَ خَلَوْا مِنْ
قَبْلِهِمْ قُلْ فَانْتَظِرُوْٓا إِنِّيْ مَعَكُمْ مِّنَ الْمُنْتَظِرِيْنَ ﴿١٠٣﴾
ثُمَّ نُنَجِّيْ رُسُلَنَا وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا كَذٰلِكَ حَقًّا عَلَيْنَا
نُنْجِ الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٠٤﴾ ع ١٠ ١٥

103. Ĉu ili atendas ion alian ol la tagojn de tiuj, kiuj venis antaŭ ili? Diru: "Atendu do! Mi estas kun vi unu el la atendantoj".

104. Poste Ni savos Niajn senditojn kaj la kredantojn. Tiel konvenas al Ni savi la kredantojn.

105. Diru: "Ho vi, homoj! Se vi estas en dubo pri mia religio, sciu: mi ne adoras tiujn, kiujn vi adoras apud Allah, sed mi adoras Allahon, kiu forprenos vin. Al mi estis ordonite esti kredanto,

106. kaj diri: "Turnu vian atenton al la religio en justeco, kaj ne estu unu el la idolanoj,

107. kaj ne voku apud Allah tion, kio povas nek utili nek malutili al vi. Se vi tion farus, vi certe estus malpiegulo".

108. Se Allah trafas vin per malfeliĉo, tiam neniu povas forpreni ĝin krom Li sola. Se Li volas la bonon por vi, neniu kapablas repeli Lian gracon. Él Siaj servantoj Li venigas al Si, kiun Li volas. Li estas la Senkulpigema, la Pardonema.

109. Diru: "Ho vi, homoj! Vere venis al vi la vero de via Sinjoro. Kiu do sekvas la gvidadon, tiu sekvas ĝin por la bono de sia propra animo, kaj kiu eraradas, tiu nur por sia propra malutilo eraradas. Mi ne estas gardanto super vi".

110. Sekvu tion, kio estis revelaciita al vi, kaj persistu, ĝis Allah donos Sian verdikton. Li estas la plej bona Juĝanto.

قُلْ يَٰٓأَيُّهَا ٱلنَّاسُ إِن كُنتُمْ فِى شَكٍّ مِّن دِينِى
فَلَآ أَعْبُدُ ٱلَّذِينَ تَعْبُدُونَ مِن دُونِ ٱللَّهِ وَلَٰكِنْ
أَعْبُدُ ٱللَّهَ ٱلَّذِى يَتَوَفَّىٰكُمْ ۖ وَأُمِرْتُ أَنْ أَكُونَ
مِنَ ٱلْمُؤْمِنِينَ ﴿١٠٥﴾
وَأَنْ أَقِمْ وَجْهَكَ لِلدِّينِ حَنِيفًا وَلَا تَكُونَنَّ مِنَ
ٱلْمُشْرِكِينَ ﴿١٠٦﴾
وَلَا تَدْعُ مِن دُونِ ٱللَّهِ مَا لَا يَنفَعُكَ وَلَا يَضُرُّكَ ۖ
فَإِن فَعَلْتَ فَإِنَّكَ إِذًا مِّنَ ٱلظَّٰلِمِينَ ﴿١٠٧﴾
وَإِن يَمْسَسْكَ ٱللَّهُ بِضُرٍّ فَلَا كَاشِفَ لَهُۥٓ إِلَّا هُوَ ۖ وَ
إِن يُرِدْكَ بِخَيْرٍ فَلَا رَآدَّ لِفَضْلِهِۦ ۚ يُصِيبُ بِهِۦ مَن
يَشَآءُ مِنْ عِبَادِهِۦ ۚ وَهُوَ ٱلْغَفُورُ ٱلرَّحِيمُ ﴿١٠٨﴾
قُلْ يَٰٓأَيُّهَا ٱلنَّاسُ قَدْ جَآءَكُمُ ٱلْحَقُّ مِن رَّبِّكُمْ ۖ فَمَنِ
ٱهْتَدَىٰ فَإِنَّمَا يَهْتَدِى لِنَفْسِهِۦ ۖ وَمَن ضَلَّ فَإِنَّمَا
يَضِلُّ عَلَيْهَا ۖ وَمَآ أَنَا۠ عَلَيْكُم بِوَكِيلٍ ﴿١٠٩﴾
وَٱتَّبِعْ مَا يُوحَىٰٓ إِلَيْكَ وَٱصْبِرْ حَتَّىٰ يَحْكُمَ ٱللَّهُ ۚ وَهُوَ
خَيْرُ ٱلْحَٰكِمِينَ ﴿١١٠﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef, Lām, Rā**. Libro, kies versoj estis kreitaj neŝanĝeblaj, poste klarigitaj fare de la Saĝa, de la Ĉiokona.

3. Por ke vi ne adoru iun ajn krom Allahon. Mi vere estas por vi de Li admonanto kaj portanto de la bona novaĵo,

4. kaj por ke vi petegu pardonon de via Sinjoro kaj poste konvertiĝu al Li. Li donos al vi bonegan provizaĵon ĝis la fino de la fiksita limtempo. Sian gracon Li konsentos al ĉiu, kiu ĝin meritas. Se vi tamen poste turnos vin for, tiam mi timas por vi la punon de la Tago timenda.

5. Al Allah estos via reveno; Li havas povon super ĉiuj aferoj.

6. Aŭskultu! Ili fermas siajn brustojn por kaŝi sin de Li. Jen! Eĉ se ili kovras sin per siaj vestaĵoj, Li scias, kion ili kaŝas, kaj kion ili malkaŝas. Vere Li bone konas la internon de la brustoj.

Fino de la 11-a parto

7. Ne ekzistas kreitaĵo sur la tero, kies vivteno ne koncernus Allahon; ĉio ĉi estas en klara Libro.

8. Estas Li Tiu, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron en ses tagoj – Lia trono staras sur la akvo – por elprovi vin kaj por ekscii, kiu

---

* v. la verson 5 an k.sekv.
** Mi, Allah, Ĉiovida

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
الٓرٰ كِتٰبٌ اُحْكِمَتْ اٰيٰتُهٗ ثُمَّ فُصِّلَتْ مِنْ لَّدُنْ
حَكِيْمٍ خَبِيْرٍ ②
اَلَّا تَعْبُدُوْٓا اِلَّا اللّٰهَ ۚ اِنَّنِيْ لَكُمْ مِّنْهُ نَذِيْرٌ وَّ بَشِيْرٌ ③
وَّاَنِ اسْتَغْفِرُوْا رَبَّكُمْ ثُمَّ تُوْبُوْٓا اِلَيْهِ يُمَتِّعْكُمْ
مَّتَاعًا حَسَنًا اِلٰٓى اَجَلٍ مُّسَمًّى وَّيُؤْتِ كُلَّ ذِيْ فَضْلٍ
فَضْلَهٗ ۗ وَاِنْ تَوَلَّوْا فَاِنِّيْٓ اَخَافُ عَلَيْكُمْ عَذَابَ
يَوْمٍ كَبِيْرٍ ④
اِلَى اللّٰهِ مَرْجِعُكُمْ ۚ وَهُوَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ⑤
اَلَآ اِنَّهُمْ يَثْنُوْنَ صُدُوْرَهُمْ لِيَسْتَخْفُوْا مِنْهُ ۗ اَلَا
حِيْنَ يَسْتَغْشُوْنَ ثِيَابَهُمْ ۙ يَعْلَمُ مَا يُسِرُّوْنَ وَمَا
يُعْلِنُوْنَ ۚ اِنَّهٗ عَلِيْمٌ ۢبِذَاتِ الصُّدُوْرِ ⑥
وَمَا مِنْ دَآبَّةٍ فِى الْاَرْضِ اِلَّا عَلَى اللّٰهِ رِزْقُهَا
وَيَعْلَمُ مُسْتَقَرَّهَا وَمُسْتَوْدَعَهَا ۗ كُلٌّ فِيْ كِتٰبٍ
مُّبِيْنٍ ⑦
وَهُوَ الَّذِيْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ فِيْ سِتَّةِ
اَيَّامٍ وَّكَانَ عَرْشُهٗ عَلَى الْمَآءِ لِيَبْلُوَكُمْ اَيُّكُمْ
اَحْسَنُ عَمَلًا ۗ وَلَئِنْ قُلْتَ اِنَّكُمْ مَّبْعُوْثُوْنَ مِنْ بَعْدِ
الْمَوْتِ لَيَقُوْلَنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اِنْ هٰذَآ اِلَّا سِحْرٌ

el vi estas plej bona je la faroj. Kiam vi diros: "Vi vere estos vekitaj post la morto" tiam certe diros la miskredantoj: "Tio ĉi nur estas evidenta magio".

9. Se Ni tamen prokrastus ilian punon ĝis limtempo kalkulita, ili certe dirus: "Kio prokrastas ĝin? ". Aŭskultu! En la tago, kiam la puno venos, neniu malhelpos ĝin for de ili, kaj ilin ĉirkaŭos tio, kion ili mokis.

10. Se Ni igas homon gustumi Nian kompaton kaj poste forprenas ĝin de li, vere li tiam estas malesperanta kaj sendanka.

11. Se Ni male igas lin gustumi feliĉon, post kiam lin trafis malfeliĉo, tiam li certe diras: "La malfeliĉo estas for de mi" kaj li fariĝas gaja, fanfaronema,

12. krom la persistemuloj kaj la bonfarantoj. Por ili estos pardono kaj granda rekompenco.

13. Ili imagas, ke vi nun eble forĵetos porcion de tio, kio estis revelaciita al vi, kaj via brusto mallarĝiĝas pro ilia diro: "Kial ne estis sendita al li trezoro, aŭ ne venis kun li anĝelo? ". Vi tamen nur estas admonanto kaj Allah estas Gardanto super ĉiuj aferoj.

14. Ĉu eble ili diros: "Li elpensis ĝin? ". Diru: "Alportu do dek ĉapitrojn similajn, elpensitajn, kaj voku, kiun vi volas, krom Allah, se vi estas sinceraj! ".

15. Kaj se ili ne respondos al vi, tiam sciu: tio estis revelaciita per la sçio de Allah, kaj ne ekzistas alia Dio ol Li. Cu vi nun volas submetiĝi?

16. Tiujn, kiuj deziras ĉi tiun vivon kaj ĝian gloron, Ni volas elpagi pro iliaj verkoj ĉi tie kaj en ĝi ili ne suferos maljustecon.

مُّبِينٌ ﴿٨﴾
وَلَئِنْ أَخَّرْنَا عَنْهُمُ الْعَذَابَ إِلَىٰ أُمَّةٍ مَّعْدُودَةٍ
لَّيَقُولُنَّ مَا يَحْبِسُهُ ۗ أَلَا يَوْمَ يَأْتِيهِمْ لَيْسَ مَصْرُوفًا
عَنْهُمْ وَحَاقَ بِهِم مَّا كَانُوا بِهِ يَسْتَهْزِئُونَ ﴿٩﴾
وَلَئِنْ أَذَقْنَا الْإِنسَانَ مِنَّا رَحْمَةً ثُمَّ نَزَعْنَاهَا مِنْهُ ۚ
إِنَّهُ لَيَئُوسٌ كَفُورٌ ﴿١٠﴾
وَلَئِنْ أَذَقْنَاهُ نَعْمَاءَ بَعْدَ ضَرَّاءَ مَسَّتْهُ لَيَقُولَنَّ
ذَهَبَ السَّيِّئَاتُ عَنِّي ۚ إِنَّهُ لَفَرِحٌ فَخُورٌ ﴿١١﴾
إِلَّا الَّذِينَ صَبَرُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ أُولَٰئِكَ لَهُم
مَّغْفِرَةٌ وَأَجْرٌ كَبِيرٌ ﴿١٢﴾
فَلَعَلَّكَ تَارِكٌ بَعْضَ مَا يُوحَىٰ إِلَيْكَ وَضَائِقٌ بِهِ
صَدْرُكَ أَن يَقُولُوا لَوْلَا أُنزِلَ عَلَيْهِ كَنزٌ أَوْ جَاءَ
مَعَهُ مَلَكٌ ۚ إِنَّمَا أَنتَ نَذِيرٌ ۚ وَاللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ
وَكِيلٌ ﴿١٣﴾
أَمْ يَقُولُونَ افْتَرَاهُ ۖ قُلْ فَأْتُوا بِعَشْرِ سُوَرٍ مِّثْلِهِ
مُفْتَرَيَاتٍ وَادْعُوا مَنِ اسْتَطَعْتُم مِّن دُونِ اللَّهِ إِن
كُنتُمْ صَادِقِينَ ﴿١٤﴾
فَإِلَّمْ يَسْتَجِيبُوا لَكُمْ فَاعْلَمُوا أَنَّمَا أُنزِلَ بِعِلْمِ اللَّهِ
وَأَن لَّا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ ۖ فَهَلْ أَنتُم مُّسْلِمُونَ ﴿١٥﴾
مَن كَانَ يُرِيدُ الْحَيَاةَ الدُّنْيَا وَزِينَتَهَا نُوَفِّ
إِلَيْهِمْ أَعْمَالَهُمْ فِيهَا وَهُمْ فِيهَا لَا يُبْخَسُونَ ﴿١٦﴾
أُولَٰئِكَ الَّذِينَ لَيْسَ لَهُمْ فِي الْآخِرَةِ إِلَّا النَّارُ ۖ

17. Estas ili tiuj, por kiuj en la vivo venonta estos nur fajro, kaj tio, kion ili faris en ĉi tiu vivo, estos senvalora, kaj iliaj agoj estos vanaj.

18. Ĉu povas esti trompisto tiu, kiu posedas evidentan pruvon de sia Sinjoro kaj kiun sekvas atestanto de Li kaj kiun antaŭiris la Skribo de Moseo kiel gvidilo kaj graco? Ili kredos al li kaj por tiuj el la partio malamika, kiuj rifuzos, estos sola restadejo la fajro. Do ne estu dubanta pri tio. Tio certe estas la vero de via Sinjoro, sed la plej multaj el la homoj ne kredas.

19. Kiu estas pli malbona ol tiu, kiu elpensas mensogon kontraŭ Allah? Ili estos kondukitaj antaŭ sian Sinjoron kaj la atestantoj diros: "Ĉi tiuj estas tiuj, kiuj mensogis kontraŭ sia Sinjoro". Aŭskultu! La malbeno de Allah falu sur la malpiegulojn.

20. kiuj devojigas de la afero de Allah kaj volas distordi ĝin. Estas ili tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta.

21. Ili neniam kapablos venki en la lando kaj por ili neniam estos patronoj krom Allah. Estos duobligita la turmento por ili kaj ili ne kapablos aŭdi nek vidi.

22. Estas ili tiuj, kiuj pereigas siajn animojn, kaj neniom utilos al ili tio, kion ili elpensis.

23. Ne estas dubo, ke en la vivo venonta ili estos la plej grandaj perdantoj.

24. Vere la kredantoj kaj la bonfarantoj, kiuj humiliĝas antaŭ sia Sinjoro: tiuj estos la loĝantoj de l' Paradizo kaj tie ili restos por ĉiam.

25. La du partioj similas al la blindulo kaj surdulo kaj al la vidanta kaj aŭdanta. Ĉu ili estas similaj inter si? Ĉu vi do ne volas kompreni?

وَحَبِطَ مَا صَنَعُوا فِيهَا وَبَٰطِلٌ مَّا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١٧﴾
أَفَمَن كَانَ عَلَىٰ بَيِّنَةٍ مِّن رَّبِّهِ وَيَتْلُوهُ شَاهِدٌ مِّنْهُ
وَمِن قَبْلِهِ كِتَٰبُ مُوسَىٰٓ إِمَامًا وَرَحْمَةً ۚ أُولَٰٓئِكَ
يُؤْمِنُونَ بِهِ ۚ وَمَن يَكْفُرْ بِهِ مِنَ الْأَحْزَابِ فَالنَّارُ
مَوْعِدُهُ ۚ فَلَا تَكُ فِي مِرْيَةٍ مِّنْهُ ۚ إِنَّهُ الْحَقُّ مِن رَّبِّكَ
وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَ النَّاسِ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿١٨﴾
وَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنِ افْتَرَىٰ عَلَى اللَّهِ كَذِبًا ۚ أُولَٰٓئِكَ
يُعْرَضُونَ عَلَىٰ رَبِّهِمْ وَيَقُولُ الْأَشْهَٰدُ هَٰٓؤُلَآءِ
الَّذِينَ كَذَبُوا عَلَىٰ رَبِّهِمْ ۚ أَلَا لَعْنَةُ اللَّهِ عَلَى
الظَّٰلِمِينَ ﴿١٩﴾
الَّذِينَ يَصُدُّونَ عَن سَبِيلِ اللَّهِ وَيَبْغُونَهَا عِوَجًا
وَهُم بِالْآخِرَةِ هُمْ كَٰفِرُونَ ﴿٢٠﴾
أُولَٰٓئِكَ لَمْ يَكُونُوا مُعْجِزِينَ فِي الْأَرْضِ وَمَا كَانَ
لَهُم مِّن دُونِ اللَّهِ مِنْ أَوْلِيَآءَ ۘ يُضَٰعَفُ لَهُمُ
الْعَذَابُ ۚ مَا كَانُوا يَسْتَطِيعُونَ السَّمْعَ وَمَا كَانُوا
يُبْصِرُونَ ﴿٢١﴾
أُولَٰٓئِكَ الَّذِينَ خَسِرُوٓا أَنفُسَهُمْ وَضَلَّ عَنْهُم مَّا
كَانُوا يَفْتَرُونَ ﴿٢٢﴾
لَا جَرَمَ أَنَّهُمْ فِي الْآخِرَةِ هُمُ الْأَخْسَرُونَ ﴿٢٣﴾
إِنَّ الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّٰلِحَٰتِ وَأَخْبَتُوٓا إِلَىٰ
رَبِّهِمْ أُولَٰٓئِكَ أَصْحَٰبُ الْجَنَّةِ ۖ هُمْ فِيهَا خَٰلِدُونَ ﴿٢٤﴾
مَثَلُ الْفَرِيقَيْنِ كَالْأَعْمَىٰ وَالْأَصَمِّ وَالْبَصِيرِ وَ

26. Vere Ni sendis Noan al lia popolo kaj li diris: "Vere mi estas por vi evidenta admonanto,

27. por ke vi adoru nur Allahon. Vere mi timas por vi la punon de la tago dolora".

28. Diris la estroj de la miskredantoj el lia popolo: "Ni vidas en vi nur viron similan al ni, kaj ni vidas nur, ke sekvis vin la plej malindaj el ni, kaj ni ne vidas en vi iun ajn kaŭzon de supereco kompare kun ni. Ne! Ni rigardas vin kiel mensogulon".

29. Li diris: "Ho mia popolo! Se mi havas pruvon evidentan de mia Sinjoro kaj Li donis al mi Sian favoron, kiu tamen mallumiĝis por vi, ĉu mi devas altrudi ĝin al vi, kvankam vi ĝin malŝatas?

30. Ho mia popolo! Mi ne volas iun ajn repagon pro tio. Mia repago estas nur ĉe Allah, kaj mi certe ne repuŝos la kredantojn. Ili certe renkontos sian Sinjoron. Mi tamen rigardas vin kiel popolon agantan nescie.

31. Ho mia popolo! Kiu helpos min kontraŭ Allah, se mi repuŝos ilin? Ĉu vi ne volas kompreni?

32. Mi ne diras al vi: "Mi posedas la trezorojn de Allah", kaj mi ne konas la Nevideblaĵon, kaj mi ne diras: "Mi estas anĝelo", kaj mi ne diras pri tiuj, kiujn vi malŝatas: "Neniam Allah konsentos al ili bonon". Allah plej bone scias, kio estas en iliaj animoj; certe, alie mi estus malbonfaranto".

33. Ili diris: "Ho Noa! Vere vi disputis kun ni longe kaj ofte, do alportu al ni tion, pri kio vi nin minacas, se vi estas sincera".

34. Li respondis: "Vere ĝin alportos al vi Allah, se Li volas, kaj vi ne kapablos malhelpi tion.

35. Mia konsilo ne utilos al vi – eĉ se mi volus konsili – se Allah deziros neniigi

السَّمِيعِ هَلْ يَسْتَوِيٰنِ مَثَلًا أَفَلَا تَذَكَّرُونَ ﴿٢٥﴾
وَلَقَدْ أَرْسَلْنَا نُوحًا إِلَىٰ قَوْمِهِ إِنِّي لَكُمْ نَذِيرٌ
مُبِينٌ ﴿٢٦﴾
أَنْ لَا تَعْبُدُوا إِلَّا اللَّهَ إِنِّي أَخَافُ عَلَيْكُمْ عَذَابَ
يَوْمٍ أَلِيمٍ ﴿٢٧﴾
فَقَالَ الْمَلَأُ الَّذِينَ كَفَرُوا مِنْ قَوْمِهِ مَا نَرٰكَ إِلَّا
بَشَرًا مِثْلَنَا وَمَا نَرٰكَ اتَّبَعَكَ إِلَّا الَّذِينَ هُمْ
أَرَاذِلُنَا بَادِيَ الرَّأْيِ وَمَا نَرَىٰ لَكُمْ عَلَيْنَا مِنْ فَضْلٍ
بَلْ نَظُنُّكُمْ كٰذِبِينَ ﴿٢٨﴾
قَالَ يٰقَوْمِ أَرَءَيْتُمْ إِنْ كُنْتُ عَلَىٰ بَيِّنَةٍ مِنْ رَبِّي
وَآتٰنِي رَحْمَةً مِنْ عِنْدِهِ فَعُمِّيَتْ عَلَيْكُمْ
أَنُلْزِمُكُمُوهَا وَأَنْتُمْ لَهَا كٰرِهُونَ ﴿٢٩﴾
وَيٰقَوْمِ لَا أَسْئَلُكُمْ عَلَيْهِ مَالًا إِنْ أَجْرِيَ إِلَّا
عَلَى اللَّهِ وَمَا أَنَا بِطَارِدِ الَّذِينَ آمَنُوا إِنَّهُمْ مُلٰقُوا
رَبِّهِمْ وَلٰكِنِّي أَرٰكُمْ قَوْمًا تَجْهَلُونَ ﴿٣٠﴾
وَيٰقَوْمِ مَنْ يَنْصُرُنِي مِنَ اللَّهِ إِنْ طَرَدْتُهُمْ أَفَلَا
تَذَكَّرُونَ ﴿٣١﴾
وَلَا أَقُولُ لَكُمْ عِنْدِي خَزَائِنُ اللَّهِ وَلَا أَعْلَمُ
الْغَيْبَ وَلَا أَقُولُ إِنِّي مَلَكٌ وَلَا أَقُولُ لِلَّذِينَ
تَزْدَرِي أَعْيُنُكُمْ لَنْ يُؤْتِيَهُمُ اللَّهُ خَيْرًا اللَّهُ
أَعْلَمُ بِمَا فِي أَنْفُسِهِمْ إِنِّي إِذًا لَمِنَ الظّٰلِمِينَ ﴿٣٢﴾
قَالُوا يٰنُوحُ قَدْ جٰدَلْتَنَا فَأَكْثَرْتَ جِدٰلَنَا فَأْتِنَا

vin. Li estas via Sinjoro kaj al Li vi revenos".

36. Ĉu ili diras: "Li elpensis tion? ". Diru: "Se mi elpensis tion, sur min falu mia peko, kaj mi tamen ne devos responsi pri viaj pekoj".

37. Estis revelaciite al Noa: "Neniu el via popolo kredos krom tiuj, kiuj jam kredis. Ne ĉagreniĝu do pro iliaj faroj.

38. Konstruu la arkeon antaŭ Niaj okuloj laŭ Nia revelacio, kaj ne parolu al Ni, propetante por la malbonfarantoj. Ili certe dronos".

39. Li konstruis la arkeon. Ĉiam, kiam la estroj de lia popolo preterpasis ĝin, ili mokis lin. Li diris: "Se vi min mokas, ankaŭ mi mokos vin, kiel vi mokas.

40. Tiam vi ekscios, sur kiun venos la puno, kiu kovros lin per honto, kaj sur kiun falos daŭra turmento".

41. Ĝis Nia ordono venis kaj la fontoj elŝprucis. Tiam Ni diris: "Enirigu en ĝin du el ĉiu, unu paron, kaj vian familion, krom tiuj, kontraŭ kiuj jam estis eldirita la verdikto, kaj enirigu en ĝin la kredantojn". Malmultaj tamen kredis kun li.

42. Li diris: "Eniru en ĝin! Je la nomo de Allah ĝi levos kaj ĵetos la ankrojn. Vere mia Sinjoro estas senkulpigema, pardonema".

43. Kaj ĝi forveturis kun ili sur la ondoj, kiuj estis kiel montoj, kaj vokis Noa sian filon, kiu staris aparte: "Ho mia filo, eniru kun ni kaj ne restu kun la miskredantoj! ".

بِمَا تَعِدُنَآ إِنْ كُنْتَ مِنَ الصّٰدِقِيْنَ ﴿٣٣﴾
قَالَ إِنَّمَا يَأْتِيْكُمْ بِهِ اللّٰهُ إِنْ شَآءَ وَ مَآ أَنْتُمْ
بِمُعْجِزِيْنَ ﴿٣٤﴾
وَلَا يَنْفَعُكُمْ نُصْحِيْٓ إِنْ أَرَدْتُّ أَنْ أَنْصَحَ لَكُمْ
إِنْ كَانَ اللّٰهُ يُرِيْدُ أَنْ يُّغْوِيَكُمْ هُوَ رَبُّكُمْ
وَإِلَيْهِ تُرْجَعُوْنَ ﴿٣٥﴾
أَمْ يَقُوْلُوْنَ افْتَرٰىهُ قُلْ إِنِ افْتَرَيْتُهٗ فَعَلَيَّ إِجْرَامِيْ
وَأَنَا بَرِيْٓءٌ مِّمَّا تُجْرِمُوْنَ ﴿٣٦﴾
وَأُوْحِيَ إِلٰى نُوْحٍ أَنَّهٗ لَنْ يُّؤْمِنَ مِنْ قَوْمِكَ إِلَّا
مَنْ قَدْ اٰمَنَ فَلَا تَبْتَئِسْ بِمَا كَانُوْا يَفْعَلُوْنَ ﴿٣٧﴾
وَاصْنَعِ الْفُلْكَ بِأَعْيُنِنَا وَوَحْيِنَا وَلَا تُخَاطِبْنِيْ فِي
الَّذِيْنَ ظَلَمُوْا إِنَّهُمْ مُّغْرَقُوْنَ ﴿٣٨﴾
وَيَصْنَعُ الْفُلْكَ وَكُلَّمَا مَرَّ عَلَيْهِ مَلَأٌ مِّنْ قَوْمِهٖ
سَخِرُوْا مِنْهُ قَالَ إِنْ تَسْخَرُوْا مِنَّا فَإِنَّا نَسْخَرُ مِنْكُمْ
كَمَا تَسْخَرُوْنَ ﴿٣٩﴾
فَسَوْفَ تَعْلَمُوْنَ مَنْ يَّأْتِيْهِ عَذَابٌ يُّخْزِيْهِ وَ
يَحِلُّ عَلَيْهِ عَذَابٌ مُّقِيْمٌ ﴿٤٠﴾
حَتّٰٓى إِذَا جَآءَ أَمْرُنَا وَفَارَ التَّنُّوْرُ قُلْنَا احْمِلْ فِيْهَا
مِنْ كُلٍّ زَوْجَيْنِ اثْنَيْنِ وَأَهْلَكَ إِلَّا مَنْ سَبَقَ
عَلَيْهِ الْقَوْلُ وَمَنْ اٰمَنَ وَمَآ اٰمَنَ مَعَهٗٓ إِلَّا قَلِيْلٌ ﴿٤١﴾
وَقَالَ ارْكَبُوْا فِيْهَا بِسْمِ اللّٰهِ مَجْرٖىهَا وَمُرْسٰىهَا
إِنَّ رَبِّيْ لَغَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿٤٢﴾

44. Li respondis: "Mi tuj iros sur monton, kiu protektos min de la akvo". Li diris: "Hodiaŭ ne estos protekto kontraŭ la ordono de Allah krom por tiuj, por kiuj Li havas kompaton". Kaj inter ilin ŝprucis la ondo, kaj tiel li estis unu el la dronantoj.

45. Estis dirite: "Ho tero! Eltrinku vian akvon" kaj: "Ho ĉielo! Ĉesu pluvi". Kaj la akvo malpliiĝis kaj la afero estis decidita kaj la arkeo haltis sur Al-Gūdī* kaj estis dirite: "For, la popolo malpiega! ".

46. Vokis Noa sian Sinjoron kaj diris: "Ho mia Sinjoro, mia filo apartenas al mia familio, kaj certe Via promeso estas vera, kaj Vi estas la plej justa juĝanto".

47. Li diris: "Ho Noa, li vere ne apartenas al via familio. Lia konduto ne estis bona, do ne demandu tion, pri kio vi nenion scias. Mi admonas vin, por ke vi ne fariĝu malsaĝa".

48. Li diris: "Ho mia Sinjoro, mi vere serĉas rifuĝon ĉe vi, por ke mi ne demandu tion, pri kio mi ne scias, kaj se Vi ne pardonus min kaj ne havus kompaton al mi, vere mi estus el la perdantoj".

49. Estis dirite: "Ho Noa! Forveturu kun Nia paco kaj estu beno super vi kaj super la gentoj, kiuj estas kun vi. Kaj estos aliaj gentoj, al kiuj Ni konsentos provizon por iom da tempo, sed poste ilin trafos dolora puno venanta de Ni".

50. Tiu ĉi estas unu el la rakontoj de la Nevideblaĵo, kiujn Ni revelacias al vi. Antaŭe nek vi nek via popolo sciis ilin; persistu do: la fina feliĉo estas por la justuloj.

وهي تجري بهم في موج كالجبال ونادى
نوح ابنه وكان في معزل يا بني اركب معنا و
لا تكن مع الكافرين ٤٣
قال سآوي إلى جبل يعصمني من الماء قال
لا عاصم اليوم من أمر الله إلا من رحم وحال
بينهما الموج فكان من المغرقين ٤٤
وقيل يا أرض ابلعي ماءك ويا سماء أقلعي
وغيض الماء وقضي الأمر واستوت على الجودي
وقيل بعدا للقوم الظالمين ٤٥
ونادى نوح ربه فقال رب إن ابني من أهلي
وإن وعدك الحق وأنت أحكم الحاكمين ٤٦
قال يا نوح إنه ليس من أهلك إنه عمل غير
صالح فلا تسألن ما ليس لك به علم إني
أعظك أن تكون من الجاهلين ٤٧
قال رب إني أعوذ بك أن أسألك ما ليس لي به
علم وإلا تغفر لي وترحمني أكن من
الخاسرين ٤٨
قيل يا نوح اهبط بسلام منا وبركات عليك و
على أمم ممن معك وأمم سنمتعهم ثم يمسهم
منا عذاب أليم ٤٩
تلك من أنباء الغيب نوحيها إليك ما كنت
تعلمها أنت ولا قومك من قبل هذا فاصبر

* Monto en Armenujo

51. Al la Aadanoj Ni sendis ilian fraton Hudon. Li diris: "Ho mia popolo, adoru Allahon. Vi ne havas alian Dion ol Lin. Vi estas nur elpensantoj.

52. Ho mia popolo, mi ne volas iun ajn rekompencon pro tio. Jen, mia rekompenco estas jam ĉe Tiu, kiu min kreis. Ĉu vi do ne volas kompreni?

53. Ho mia popolo, petegu pardonon de via Sinjoro, poste konvertiĝu al Li; Li sendos nubojn por vi kun abundaj pluvoj kaj Li plifortigos vin per Sia povo; ne turnu vin for, kiel la kulpuloj".

54. Ili diris: "Ho Hud! Vi ne alportis iun ajn evidentan pruvon kaj ni ne forlasos niajn Diojn pro via vorto kaj ni ne kredos al vi.

55. Ni povas nur diri, ke iuj el niaj Dioj vin trafis per malfeliĉo". Li respondis: "Mi vokas Allahon kiel atestanton, kaj atestu ankaŭ vi, ke mi ne partoprenas je tio, kion vi adoras

56. anstataŭ Lin; do intrigu vi ĉiuj kontraŭ mi kaj ne konsentu al mi prokraston.

57. Mi vere fidas je Allah, mia Sinjoro kaj via Sinjoro. Ne ekzistas estaĵo, kiun Li ne tenas je ĝia hartufo. Vere mia Sinjoro estas sur la rekta vojo.

58. Se vi nun turnos vin for, jen, vere mi jam transdonis al vi tion, kio estis donita al mi por vi, kaj mia Sinjoro metos alian popolon sur vian postenon. Vi neniel povas malutili al Li. Vere mia Sinjoro estas Gardanto super ĉiuj aferoj".

59. Kiam venis Nia ordono, Ni savis Hudon kaj la kredantojn kun li per Nia kompato. Ni savis ilin de grava turmento.

60. Tiuj estis la Aadanoj. Ili pridubis la signojn de sia Sinjoro, malobeis Liajn sendi-

ع إِنَّ الْعَاقِبَةَ لِلْمُتَّقِينَ ﴿٤٩﴾
وَإِلَىٰ عَادٍ أَخَاهُمْ هُودًا ۚ قَالَ يَا قَوْمِ اعْبُدُوا اللَّهَ
مَا لَكُم مِّنْ إِلَٰهٍ غَيْرُهُ ۖ إِنْ أَنتُمْ إِلَّا مُفْتَرُونَ ﴿٥٠﴾
يَا قَوْمِ لَا أَسْأَلُكُمْ عَلَيْهِ أَجْرًا ۖ إِنْ أَجْرِيَ إِلَّا عَلَى
الَّذِي فَطَرَنِي ۚ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ﴿٥١﴾
وَيَا قَوْمِ اسْتَغْفِرُوا رَبَّكُمْ ثُمَّ تُوبُوا إِلَيْهِ يُرْسِلِ
السَّمَاءَ عَلَيْكُم مِّدْرَارًا وَيَزِدْكُمْ قُوَّةً إِلَىٰ قُوَّتِكُمْ
وَلَا تَتَوَلَّوْا مُجْرِمِينَ ﴿٥٢﴾
قَالُوا يَا هُودُ مَا جِئْتَنَا بِبَيِّنَةٍ وَمَا نَحْنُ بِتَارِكِي
آلِهَتِنَا عَن قَوْلِكَ وَمَا نَحْنُ لَكَ بِمُؤْمِنِينَ ﴿٥٣﴾
إِن نَّقُولُ إِلَّا اعْتَرَاكَ بَعْضُ آلِهَتِنَا بِسُوءٍ ۗ قَالَ إِنِّي
أُشْهِدُ اللَّهَ وَاشْهَدُوا أَنِّي بَرِيءٌ مِّمَّا تُشْرِكُونَ ﴿٥٤﴾
مِن دُونِهِ ۖ فَكِيدُونِي جَمِيعًا ثُمَّ لَا تُنظِرُونِ ﴿٥٥﴾
إِنِّي تَوَكَّلْتُ عَلَى اللَّهِ رَبِّي وَرَبِّكُم ۚ مَّا مِن دَابَّةٍ
إِلَّا هُوَ آخِذٌ بِنَاصِيَتِهَا ۚ إِنَّ رَبِّي عَلَىٰ صِرَاطٍ
مُّسْتَقِيمٍ ﴿٥٦﴾
فَإِن تَوَلَّوْا فَقَدْ أَبْلَغْتُكُم مَّا أُرْسِلْتُ بِهِ إِلَيْكُمْ ۚ
وَيَسْتَخْلِفُ رَبِّي قَوْمًا غَيْرَكُمْ وَلَا تَضُرُّونَهُ شَيْئًا ۚ إِنَّ
رَبِّي عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ حَفِيظٌ ﴿٥٧﴾
وَلَمَّا جَاءَ أَمْرُنَا نَجَّيْنَا هُودًا وَالَّذِينَ آمَنُوا مَعَهُ
بِرَحْمَةٍ مِّنَّا وَنَجَّيْنَاهُم مِّنْ عَذَابٍ غَلِيظٍ ﴿٥٨﴾
وَتِلْكَ عَادٌ ۖ جَحَدُوا بِآيَاتِ رَبِّهِمْ وَعَصَوْا رُسُلَهُ

tojn kaj sekvis la inviton de la fierega malamiko.

61. Malbeno persekutis ilin en ĉi tiu vivo, kaj en la tago de la reviviĝo estos dirite: ”Aŭskultu! Vere la Aadanoj rifuzis sian Sinjoron. Jen! for do de ĉi tie la Aadanoj, popolo de Hud! ”.

62. Kaj al la Tamudoj Ni sendis ilian fraton Sŭālehon. Li diris: ”Ho mia popolo, adoru Allahon. Vi ne havas alian Dion ol Lin. Li kreis vin el la tero kaj donis al vi loĝejon sur ĝi, do petegu pardonon de Li, poste konvertiĝu al Li. Vere mia Sinjoro estas proksima kaj elaŭdema”.

63. Ili diris: ”Ho Sŭāleh, vi estis ĝis nun inter ni fonto de espero. Ĉu vi volas malpermesi al ni adori tion, kion adoris niaj patroj? Ni vere estas en grava dubo pri tio, kion vi ordonas al ni”.

64. Li respondis: ”Ho mia popolo, kion vi pensas? Se mi staras sur pruvo evidenta de mia Sinjoro kaj Li donis al mi Sian favoron, kiu do helpos min kontraŭ Allah, se mi estos malobeema al Li? Tiel vi povus nur pliigi mian pereon.

65. Ho mia popolo, jen estas — kiel signo por vi — la kamelino de Allah, do lasu ĝin paŝti sur la tero de Allah kaj ne tuŝu ĝin malutile, alie vin trafos baldaŭa puno”.

66. Ili tamen foroferis ĝin kaj tiam li diris: ”Ĝoju en viaj domoj ankoraŭ tri tagojn. Tio ĉi estas promeso, nenegebla”.

67. Kiam nun Nia ordono alvenis, Ni savis Sŭālehon kaj la kredantojn kun li per Nia favoro kaj Ni savis ilin de la honto de tiu tago. Vere via Sinjoro estas la Forta, la Ĉiopova.

وَاتَّبَعُوٓا أَمْرَ كُلِّ جَبَّارٍ عَنِيدٍ ﴿٦٠﴾
وَأُتْبِعُوا فِي هٰذِهِ الدُّنْيَا لَعْنَةً وَّيَوْمَ الْقِيٰمَةِ ۗ أَلَآ
ع إِنَّ عَادًا كَفَرُوا رَبَّهُمْ ۗ أَلَا بُعْدًا لِّعَادٍ قَوْمِ هُودٍ ﴿٦١﴾
وَإِلٰى ثَمُودَ أَخَاهُمْ صٰلِحًا ۘ قَالَ يٰقَوْمِ اعْبُدُوا اللّٰهَ
مَا لَكُمْ مِّنْ إِلٰهٍ غَيْرُهُ ۗ هُوَ أَنْشَأَكُمْ مِّنَ الْأَرْضِ
وَاسْتَعْمَرَكُمْ فِيهَا فَاسْتَغْفِرُوهُ ثُمَّ تُوبُوٓا إِلَيْهِ ۗ
إِنَّ رَبِّي قَرِيبٌ مُّجِيبٌ ﴿٦٢﴾
قَالُوا يٰصٰلِحُ قَدْ كُنْتَ فِينَا مَرْجُوًّا قَبْلَ هٰذَآ أَتَنْهٰنَآ
أَنْ نَّعْبُدَ مَا يَعْبُدُ آبَآؤُنَا وَإِنَّنَا لَفِي شَكٍّ مِّمَّا
تَدْعُونَآ إِلَيْهِ مُرِيبٍ ﴿٦٣﴾
قَالَ يٰقَوْمِ أَرَءَيْتُمْ إِنْ كُنْتُ عَلٰى بَيِّنَةٍ مِّنْ رَّبِّي
وَاٰتٰىنِي مِنْهُ رَحْمَةً فَمَنْ يَّنْصُرُنِي مِنَ اللّٰهِ إِنْ
عَصَيْتُهُ ۗ فَمَا تَزِيدُونَنِي غَيْرَ تَخْسِيرٍ ﴿٦٤﴾
وَيٰقَوْمِ هٰذِهِ نَاقَةُ اللّٰهِ لَكُمْ اٰيَةً فَذَرُوهَا تَأْكُلْ
فِيٓ أَرْضِ اللّٰهِ وَلَا تَمَسُّوهَا بِسُوٓءٍ فَيَأْخُذَكُمْ عَذَابٌ
قَرِيبٌ ﴿٦٥﴾
فَعَقَرُوهَا فَقَالَ تَمَتَّعُوا فِي دَارِكُمْ ثَلٰثَةَ أَيَّامٍ ۗ
ذٰلِكَ وَعْدٌ غَيْرُ مَكْذُوبٍ ﴿٦٦﴾
فَلَمَّا جَآءَ أَمْرُنَا نَجَّيْنَا صٰلِحًا وَّالَّذِينَ اٰمَنُوا مَعَهُ
بِرَحْمَةٍ مِّنَّا وَمِنْ خِزْيِ يَوْمِئِذٍ ۗ إِنَّ رَبَّكَ هُوَ
الْقَوِيُّ الْعَزِيزُ ﴿٦٧﴾
وَأَخَذَ الَّذِينَ ظَلَمُوا الصَّيْحَةُ فَأَصْبَحُوا فِي دِيَارِهِمْ

68. La malbonfarantojn atingis la puno
kaj ili kuŝis en siaj domoj sur siaj brustoj,

69. kvazaŭ ili ne estus loĝintaj en ili. Jen!
La Tamudoj rifuzis sian Sinjoron; jen! For
de ĉi tie, la Tamudoj!

70. Vere Niaj senditoj venis al Abraham
kun la bona novaĵo. Ili diris: "Pacon! "
kaj li respondis: "Pacon! " kaj li ne mal-
fruis kaj alportis rostitan bovidon.

71. Kiam li vidis, ke ili ne etendis al ĝi si-
ajn manojn, li suspektis kaj ektimis ilin.
Ili tamen diris: "Ne timu, ni vere estas sen-
ditaj al la popolo de Lot".

72. Lia edzino staris tie kaj ŝi timegis kaj
Ni tiam sciigis al ŝi la bonan novaĵon de
Isaak kaj post Isaak tiun de Jakob.

73. Ŝi diris: "Ho ve al mi! Ĉu mi naskos
idon, kvankam mi estas maljuna, kaj mia
edzo estas maljunulo? Tio certe estas
stranga afero".

74. Ili diris: "Ĉu vi miras pri la ordono de
Allah? La favoro de Allah kaj Liaj benoj
estu sur vi, loĝantoj de la hejmo. Li estas
vere laŭdinda, sankta".

75. Kiam foriris de Abraham la teruro kaj
venis la bona novaĵo, li komencis argumen-
ti kun Ni pri la popolo de Lot.

76. Vere Abraham estis milda, kompatema,
virta.

77. "Ho Abraham, ĉesu do propeti! Jen,
jam estas donita la ordono de via Sinjoro
kaj plej certe ilin atingos neevitebla puno.

78. Kiam Niaj senditoj venis al Lot, li aflik-
tiĝis pro tio kaj fartis malforta pro ili kaj
li diris: "Jen malfeliĉa tago".

جٰثِمِيْنَ ﴿٦٨﴾
كَاَنْ لَّمْ يَغْنَوْا فِيْهَا ۗ اَلَآ اِنَّ ثَمُوْدَاۡ كَفَرُوْا رَبَّهُمْ
اَلَا بُعْدًا لِّثَمُوْدَ ﴿٦٩﴾
وَلَقَدْ جَآءَتْ رُسُلُنَآ اِبْرٰهِيْمَ بِالْبُشْرٰى قَالُوْا سَلٰمًا ۗ
قَالَ سَلٰمٌ فَمَا لَبِثَ اَنْ جَآءَ بِعِجْلٍ حَنِيْذٍ ﴿٧٠﴾
فَلَمَّا رَاٰۤ اَيْدِيَهُمْ لَا تَصِلُ اِلَيْهِ نَكِرَهُمْ وَاَوْجَسَ
مِنْهُمْ خِيْفَةً ۗ قَالُوْا لَا تَخَفْ اِنَّاۤ اُرْسِلْنَاۤ اِلٰى
قَوْمِ لُوْطٍ ﴿٧١﴾
وَامْرَاَتُهٗ قَآئِمَةٌ فَضَحِكَتْ فَبَشَّرْنٰهَا بِاِسْحٰقَ ۙ وَ
مِنْ وَّرَآءِ اِسْحٰقَ يَعْقُوْبَ ﴿٧٢﴾
قَالَتْ يٰوَيْلَتٰۤى ءَاَلِدُ وَاَنَا عَجُوْزٌ وَّهٰذَا بَعْلِيْ شَيْخًا ۗ
اِنَّ هٰذَا لَشَيْءٌ عَجِيْبٌ ﴿٧٣﴾
قَالُوْۤا اَتَعْجَبِيْنَ مِنْ اَمْرِ اللّٰهِ رَحْمَتُ اللّٰهِ وَبَرَكٰتُهٗ
عَلَيْكُمْ اَهْلَ الْبَيْتِ ۗ اِنَّهٗ حَمِيْدٌ مَّجِيْدٌ ﴿٧٤﴾
فَلَمَّا ذَهَبَ عَنْ اِبْرٰهِيْمَ الرَّوْعُ وَجَآءَتْهُ الْبُشْرٰى
يُجَادِلُنَا فِيْ قَوْمِ لُوْطٍ ﴿٧٥﴾
اِنَّ اِبْرٰهِيْمَ لَحَلِيْمٌ اَوَّاهٌ مُّنِيْبٌ ﴿٧٦﴾
يٰۤاِبْرٰهِيْمُ اَعْرِضْ عَنْ هٰذَا ۚ اِنَّهٗ قَدْ جَآءَ اَمْرُ
رَبِّكَ ۚ وَاِنَّهُمْ اٰتِيْهِمْ عَذَابٌ غَيْرُ مَرْدُوْدٍ ﴿٧٧﴾
وَلَمَّا جَآءَتْ رُسُلُنَا لُوْطًا سِيْٓءَ بِهِمْ وَضَاقَ بِهِمْ
ذَرْعًا وَّقَالَ هٰذَا يَوْمٌ عَصِيْبٌ ﴿٧٨﴾
وَجَآءَهٗ قَوْمُهٗ يُهْرَعُوْنَ اِلَيْهِ ۗ وَمِنْ قَبْلُ كَانُوْا

79. Venis lia popolo, kurante al li kaj kolere, kaj ankaŭ antaŭe ili malbonfaradis. Li diris: "Ho mia popolo! Jen miaj filinoj, ili estas puraj antaŭ vi, do respektegu Allahon kaj ne humiligu min antaŭ miaj gastoj. Ĉu ne estas inter vi klerulo? ".

80. Ili respondis: "Vi certe tre bone scias, ke ni ne havas iun ajn rajton rilate al viaj filinoj, kaj vi bone scias, kion ni deziras".

81. Li diris: "Se mi nur havus la povon haltigi vin, aŭ se mi povus turni min al iu ajn forta apogilo! ".

82. Ili diris: "Ho Lot! Ni vere estas senditoj de via Sinjoro. Ili neniam atingos vin, do foriru kun via gento dum la nokto, kaj neniu turnu sin malantaŭen, krom via edzino. Vere io ajn, kio tie trafos ilin, ĝi trafos ilin. Jen, la mateno estas ilia fiksita limtempo. Ĉu la mateno ne estas proksima? ".

83. Kiam alvenis Nia ordono, Ni en tiu urbo metis la suprajôjn malsupren kaj Ni pluvigis sur ilin ŝtonojn el argilo, tavolon sur tavolon,

84. markitajn de via Sinjoro; tiu puno ne estas malproksima de la malpieguloj.

85. Al Madjan Ni sendis ilian fraton Ŝu'ajbon kaj li diris: "Ho mia popolo! Adoru Allahon; vi ne havas alian Dion ol Lin; ne trompu pri la mezuro kaj la pezo. Mi vere vidas vin en bonstato, sed mi timas por vi la punon de la tago de la detruo.

86. Ho mia popolo, donu plenan mezuron kaj pezon laŭ justeco kaj ne trompu la homojn je iliaj propraĵoj kaj ne estigu krime malpacon en la lando.

يَعْمَلُونَ السَّيِّاٰتِ ۚ قَالَ يٰقَوْمِ هٰٓؤُلَآءِ بَنَاتِيْ هُنَّ
اَطْهَرُ لَكُمْ فَاتَّقُوا اللّٰهَ وَلَا تُخْزُوْنِ فِيْ ضَيْفِيْ ۚ اَلَيْسَ
مِنْكُمْ رَجُلٌ رَّشِيْدٌ ﴿٧٩﴾
قَالُوْا لَقَدْ عَلِمْتَ مَا لَنَا فِيْ بَنٰتِكَ مِنْ حَقٍّ ۚ وَاِنَّكَ
لَتَعْلَمُ مَا نُرِيْدُ ﴿٨٠﴾
قَالَ لَوْ اَنَّ لِيْ بِكُمْ قُوَّةً اَوْ اٰوِيْۤ اِلٰى رُكْنٍ شَدِيْدٍ ﴿٨١﴾
قَالُوْا يٰلُوْطُ اِنَّا رُسُلُ رَبِّكَ لَنْ يَّصِلُوْۤا اِلَيْكَ فَاَسْرِ
بِاَهْلِكَ بِقِطْعٍ مِّنَ الَّيْلِ وَلَا يَلْتَفِتْ مِنْكُمْ اَحَدٌ
اِلَّا امْرَاَتَكَ ۚ اِنَّهٗ مُصِيْبُهَا مَاۤ اَصَابَهُمْ ۚ اِنَّ مَوْعِدَهُمُ
الصُّبْحُ ۚ اَلَيْسَ الصُّبْحُ بِقَرِيْبٍ ﴿٨٢﴾
فَلَمَّا جَآءَ اَمْرُنَا جَعَلْنَا عَالِيَهَا سَافِلَهَا وَاَمْطَرْنَا
عَلَيْهَا حِجَارَةً مِّنْ سِجِّيْلٍ ۙ مَّنْضُوْدٍ ﴿٨٣﴾
مُّسَوَّمَةً عِنْدَ رَبِّكَ ۚ وَمَا هِيَ مِنَ الظّٰلِمِيْنَ
بِبَعِيْدٍ ﴿٨٤﴾ ع
وَاِلٰى مَدْيَنَ اَخَاهُمْ شُعَيْبًا ۚ قَالَ يٰقَوْمِ اعْبُدُوا
اللّٰهَ مَا لَكُمْ مِّنْ اِلٰهٍ غَيْرُهٗ ۚ وَلَا تَنْقُصُوا الْمِكْيَالَ
وَالْمِيْزَانَ اِنِّيْۤ اَرٰىكُمْ بِخَيْرٍ وَّاِنِّيْۤ اَخَافُ عَلَيْكُمْ
عَذَابَ يَوْمٍ مُّحِيْطٍ ﴿٨٥﴾
وَيٰقَوْمِ اَوْفُوا الْمِكْيَالَ وَالْمِيْزَانَ بِالْقِسْطِ وَلَا
تَبْخَسُوا النَّاسَ اَشْيَآءَهُمْ وَلَا تَعْثَوْا فِي الْاَرْضِ
مُفْسِدِيْنَ ﴿٨٦﴾
بَقِيَّتُ اللّٰهِ خَيْرٌ لَّكُمْ اِنْ كُنْتُمْ مُّؤْمِنِيْنَ ۚ وَمَاۤ اَنَا

87. Tio, kion Allah lasis ĉe vi, estos pli bona por vi, se vi estos kredantoj, kaj mi ne estas gardanto super vi".

88. Ili respondis: "Ho Ŝu'ajb! Ĉu via preĝo ordonas vin, ke ni forlasu tion, kion niaj patroj adoris, aŭ ke ni ĉesu agi pri niaj propraĵoj, kiel ni volas? Vere vi estas saĝa kaj klera! ".

89. Li diris: "Ho mia popolo, kion vi pensas? Se mi staras sur pruvo evidenta de mia Sinjoro kaj Li pretigis por mi per Si mem bonegajn provizaĵojn, kion do? Mi ne volas fari al vi ĝuste tion, pri kio mi provas dekonvinki vin. Mi nur deziras plibonigon, kiel plej eble. En mi ne estas povo, krom tiu venanta de Allah. Je Li mi fidas kaj al Li mi turnas min.

90. Ho mia popolo! Ne logu vin via malamikeco kontraŭ mi kun tiu sekvo, ke vin trafu la samo, kio trafis la popolon de Noa aŭ la popolon de Hud aŭ la popolon de Sŭāleh; ankaŭ la popolo de Lot ne estas tro malproksima de vi.

91. Petegu pardonon de via Sinjoro kaj poste konvertiĝu al Li. Vere mia Sinjoro estas pardonema, amema".

92. Ili respondis: "Ho Ŝu'ajb, ni ne komprenas multon el tio, kion vi diras, kaj ni vidaş, ke vi estas malforta inter ni. Se ne estus via deveno, ni ŝtonmortigus vin. Vi ne havas fortan pozicion ĉe ni".

93. Li diris: "Ho mia popolo! Ĉu mia deveno estas pli ŝatata de vi, ol Allah? Ĉu vi Lin rigardas kiel aferon, kiun vi lasu post viaj dorsoj? Vere mia Sinjoro ĉirkaŭas ĉion, kion vi faras.

94. Ho mia popolo! Agu tamen laŭ via povo, ankaŭ mi agos. Baldaŭ vi ekscios, sur kiun falos la puno, kiu humiligas, kaj kiu estas mensogulo. Atendu do, mi ankaŭ atendos kun vi".

عليكم بحفيظ ﴿٨٦﴾
قالوا يشعيب اصلوتك تامرك ان نترك ما
يعبد اباؤنا او ان نفعل في اموالنا ما نشؤا
انك لانت الحليم الرشيد ﴿٨٧﴾
قال يقوم ارءيتم ان كنت على بينة من
ربي ورزقني منه رزقا حسنا وما اريد ان
اخالفكم الى ما انهكم عنه ان اريد الا
الاصلاح ما استطعت وما توفيقي الا بالله
عليه توكلت واليه انيب ﴿٨٨﴾
ويقوم لا يجرمنكم شقاقي ان يصيبكم مثل
ما اصاب قوم نوح او قوم هود او قوم صلح
وما قوم لوط منكم ببعيد ﴿٨٩﴾
واستغفروا ربكم ثم توبوا اليه ان ربي رحيم
ودود ﴿٩٠﴾
قالوا يشعيب ما نفقه كثيرا مما تقول وانا
لنرىك فينا ضعيفا ولولا رهطك لرجمنك و
ما انت علينا بعزيز ﴿٩١﴾
قال يقوم ارهطي اعز عليكم من الله واتخذتموه
وراءكم ظهريا ان ربي بما تعملون محيط ﴿٩٢﴾
ويقوم اعملوا على مكانتكم اني عامل سوف
تعلمون من ياتيه عذاب يخزيه ومن هو كاذب
وارتقبوا اني معكم رقيب ﴿٩٣﴾

95. Kiam venis Nia ordono, Ni savis Ŝu'ajbon kaj la kredantojn kun li per Nia kompato, kaj la puno trafis la malbonfarantojn kaj ili kuŝis sur siaj brustoj en siaj domoj,

وَلَمَّا جَآءَ اَمْرُنَا نَجَّيْنَا شُعَيْبًا وَّالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا مَعَهٗ
بِرَحْمَةٍ مِّنَّا وَاَخَذَتِ الَّذِيْنَ ظَلَمُوا الصَّيْحَةُ فَاَصْبَحُوْا
فِيْ دِيَارِهِمْ جٰثِمِيْنَ ﴿٩٥﴾

96. kvazaŭ ili neniam estus loĝintaj en ili. Jen, repuŝita estis Madjan, kiel repuŝita estis Tamūd.

كَاَنْ لَّمْ يَغْنَوْا فِيْهَا ؕ اَلَا بُعْدًا لِّمَدْيَنَ كَمَا بَعِدَتْ
ثَمُوْدُ ﴿٩٦﴾ ع

97. Vere Ni sendis Moseon kun Niaj signoj kaj kun aŭtoritato evidenta

وَلَقَدْ اَرْسَلْنَا مُوْسٰى بِاٰيٰتِنَا وَسُلْطٰنٍ مُّبِيْنٍ ﴿٩٧﴾

98. al Faraono kaj al liaj estroj; tiuj tamen sekvis la ordonon de Faraono, sed la ordono de Faraono ne estis justa.

اِلٰى فِرْعَوْنَ وَمَلَا۟ئِهٖ فَاتَّبَعُوْۤا اَمْرَ فِرْعَوْنَ ۚ وَمَاۤ
اَمْرُ فِرْعَوْنَ بِرَشِيْدٍ ﴿٩٨﴾

99. Li devos antaŭiri sian popolon en la tago de la reviviĝo kaj ĝin konduki en la fajron. Malbonega estas ilia trinkejo, kien ili venos!

يَقْدُمُ قَوْمَهٗ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ فَاَوْرَدَهُمُ النَّارَ ؕ وَبِئْسَ
الْوِرْدُ الْمَوْرُوْدُ ﴿٩٩﴾

100. Malbeno komencis sekvi ilin en ĉi tiu vivo, kaj daŭros en la tago de la reviviĝo. Malbonega estas la donaco, kiu estos donita al ili!

وَاُتْبِعُوْا فِيْ هٰذِهٖ لَعْنَةً وَّيَوْمَ الْقِيٰمَةِ ؕ بِئْسَ الرِّفْدُ
الْمَرْفُوْدُ ﴿١٠٠﴾

101. Tiu estas unu el la novaĵoj de la urboj, kiujn Ni rakontas al vi. Iuj ankoraŭ staras kaj aliaj estas detruitaj.

ذٰلِكَ مِنْ اَنْۢبَآءِ الْقُرٰى نَقُصُّهٗ عَلَيْكَ مِنْهَا قَآئِمٌ
وَّحَصِيْدٌ ﴿١٠١﴾

102. Ne estis Ni Tiu, kiu faris maljustecon al ili, sed ili al si mem; kaj neniom utilis al ili iliaj Dioj, kiujn ili vokis apud Allah, kiam venis la ordono de via Sinjoro, kaj ili nenion alian pliigis, ol sian pereon.

وَمَا ظَلَمْنٰهُمْ وَلٰكِنْ ظَلَمُوْۤا اَنْفُسَهُمْ فَمَاۤ اَغْنَتْ
عَنْهُمْ اٰلِهَتُهُمُ الَّتِيْ يَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ مِنْ
شَيْءٍ لَّمَّا جَآءَ اَمْرُ رَبِّكَ ؕ وَمَا زَادُوْهُمْ غَيْرَ تَتْبِيْبٍ ﴿١٠٢﴾

103. Tia estas la pugnopreno de via Sinjoro, kiam Li trafas la urbojn, ĉar ili pekegis. Vere Lia pugnopreno estas dolora, severa.

وَكَذٰلِكَ اَخْذُ رَبِّكَ اِذَاۤ اَخَذَ الْقُرٰى وَهِيَ ظَالِمَةٌ ؕ
اِنَّ اَخْذَهٗۤ اَلِيْمٌ شَدِيْدٌ ﴿١٠٣﴾

104. Vere en tio estas signo por tiu, kiu timas la punon de la vivo venonta. Tiu estas tago, en kiu estos kunvenigitaj la homoj, kaj tiu estas tago, pri kiu ili estos atestantoj.

اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيَةً لِّمَنْ خَافَ عَذَابَ الْاٰخِرَةِ ؕ ذٰلِكَ
يَوْمٌ مَّجْمُوْعٌ ۙ لَّهُ النَّاسُ وَذٰلِكَ يَوْمٌ مَّشْهُوْدٌ ﴿١٠٤﴾

105. Ni nur prokrastas ĝin ĝis fiksita limtempo.

وَمَا نُؤَخِّرُهٗۤ اِلَّا لِاَجَلٍ مَّعْدُوْدٍ ﴿١٠٥﴾

106. Kiam venos tiu tago, neniu animo parolos krom per Lia permeso, kaj tiam iuj estos malfeliĉaj kaj aliaj feliĉaj.

107. Pri tiuj, kiuj estos malfeliĉaj: ili venos en la fajron, kie por ili estos ekĝemado kaj ploregado.

108. Tie ili ĉiam restos, dum la daŭro de la ĉieloj kaj de la tero, krom se via Sinjoro volos alie. Vere via Sinjoro efektivigas, kion Li volas.

109. Pri tiuj, kiuj estos feliĉaj: ili venos en la Paradizon; tie ili ĉiam restos, dum la daŭro de la ĉieloj kaj de la tero, krom se via Sinjoro volos alie – donaco, kiu ne interrompiĝos.

110. Do ne estu dubanta pri tio, kion ĉi tiuj adoras; ili nur adoras, kion antaŭe adoris iliaj patroj; vere Ni repagos al ili ilian plenan porcion sen malpliigo.

111. Certe Ni donis al Moseo la Libron, tamen estiĝis malkonsento pri ĝi, kaj se ne estus veninta antaŭe la vorto de via Sinjoro, jam estus juĝite inter ili, kaj nun vere ili estas en maltrankviliga dubo pri ĝi.

112. Kaj vere, kvankam tio ankoraŭ ne okazis, via Sinjoro repagos iliajn agojn. Vere Li scias, kion ili faras.

113. Staru do vi, kiel estis ordonite al vi, kaj staru tiu, kiu kun vi konvertiĝis kaj ne transpaŝis la limojn. Vere Li vidas, kion vi faras.

114. Ne inklinu al la malbonfarantoj, por ke vin ne atingu la fajro, kaj vi ne havos aliajn patronojn ol Allahon, poste al vi ne estos helpite.

يَوْمَ يَأْتِ لَا تَكَلَّمُ نَفْسٌ إِلَّا بِإِذْنِهِ فَمِنْهُمْ شَقِيٌّ
وَسَعِيدٌ ﴿١٠٦﴾
فَأَمَّا الَّذِينَ شَقُوا فَفِي النَّارِ لَهُمْ فِيهَا زَفِيرٌ وَ
شَهِيقٌ ﴿١٠٧﴾
خَالِدِينَ فِيهَا مَا دَامَتِ السَّمَاوَاتُ وَالْأَرْضُ إِلَّا مَا
شَاءَ رَبُّكَ إِنَّ رَبَّكَ فَعَّالٌ لِمَا يُرِيدُ ﴿١٠٨﴾
وَأَمَّا الَّذِينَ سُعِدُوا فَفِي الْجَنَّةِ خَالِدِينَ فِيهَا مَا
دَامَتِ السَّمَاوَاتُ وَالْأَرْضُ إِلَّا مَا شَاءَ رَبُّكَ
عَطَاءً غَيْرَ مَجْذُوذٍ ﴿١٠٩﴾
فَلَا تَكُ فِي مِرْيَةٍ مِمَّا يَعْبُدُ هَٰؤُلَاءِ مَا يَعْبُدُونَ
إِلَّا كَمَا يَعْبُدُ آبَاؤُهُمْ مِنْ قَبْلُ وَإِنَّا لَمُوَفُّوهُمْ
نَصِيبَهُمْ غَيْرَ مَنْقُوصٍ ﴿١١٠﴾
وَلَقَدْ آتَيْنَا مُوسَى الْكِتَابَ فَاخْتُلِفَ فِيهِ وَلَوْلَا
كَلِمَةٌ سَبَقَتْ مِنْ رَبِّكَ لَقُضِيَ بَيْنَهُمْ وَإِنَّهُمْ لَفِي
شَكٍّ مِنْهُ مُرِيبٍ ﴿١١١﴾
وَإِنَّ كُلًّا لَمَّا لَيُوَفِّيَنَّهُمْ رَبُّكَ أَعْمَالَهُمْ إِنَّهُ بِمَا
يَعْمَلُونَ خَبِيرٌ ﴿١١٢﴾
فَاسْتَقِمْ كَمَا أُمِرْتَ وَمَنْ تَابَ مَعَكَ وَلَا تَطْغَوْا
إِنَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ﴿١١٣﴾
وَلَا تَرْكَنُوا إِلَى الَّذِينَ ظَلَمُوا فَتَمَسَّكُمُ النَّارُ وَمَا
لَكُمْ مِنْ دُونِ اللَّهِ مِنْ أَوْلِيَاءَ ثُمَّ لَا تُنْصَرُونَ ﴿١١٤﴾
وَأَقِمِ الصَّلَاةَ طَرَفَيِ النَّهَارِ وَزُلَفًا مِنَ اللَّيْلِ إِنَّ

115. Levu la preĝon je ambaŭ finoj de la tago kaj en la komencaj horoj de la nokto. Vere la bonaj agoj forpelas la malbonajn. Tio estas admono por la pripensemuloj.

116. Estu persistema, ĉar vere Allah ne permesos, ke la rekompenco de la justuloj vaniĝu.

117. Kiel do ne estis inter la generacioj antaŭ vi homoj saĝaj, kiuj malhelpis la malpacon sur la tero – krom malmultaj el tiuj, kiujn Ni savis el via mezo? Tamen la malbonfarantoj sekvis siajn pasiojn kaj tiel ili fariĝis kulpaj.

118. Via Sinjoro ne kutimas detrui maljuste la urbojn, se iliaj loĝantoj estas pacemuloj.

119. Se via Sinjoro volus, Li farus la homaron unu sola socio, sed ili ne volas ĉesi malkonsenti,

120. krom tiuj, al kiuj via Sinjoro donis Sian favoron, kaj por tio Li kreis ilin, kaj plenumiĝos la vorto de via Sinjoro: ”Vere Mi replenigos la inferon per Ĝinnoj kaj homoj, ĉiuj kune”.

121. Ĉiu novaĵo, el tiuj pri la senditoj, kiun Ni rakontas al vi, estas por firmigi vian koron per ĝi. En ĝi venis al vi la vero, admono kaj memorigaĵo por la kredantoj.

122. Diru al la nekredantoj: ”Agu laŭ viaj kapabloj, ankaŭ mi agos,

123. kaj atendu, ankaŭ mi atendos”.

124. Al Allah apartenas la Nevideblaĵoj de la ĉieloj kaj de la tero kaj al Li revenos la tuta afero; do adoru Lin kaj fidu je Li; via Sinjoro ne ignoras, kion vi faras.

الْحَسَنٰتِ يُذْهِبْنَ السَّيِّاٰتِ ۚ ذٰلِكَ ذِكْرٰى
لِلذّٰكِرِيْنَ ﴿١١٥﴾
وَاصْبِرْ فَاِنَّ اللّٰهَ لَا يُضِيْعُ اَجْرَ الْمُحْسِنِيْنَ ﴿١١٦﴾
فَلَوْلَا كَانَ مِنَ الْقُرُوْنِ مِنْ قَبْلِكُمْ اُولُوْا بَقِيَّةٍ
يَّنْهَوْنَ عَنِ الْفَسَادِ فِي الْاَرْضِ اِلَّا قَلِيْلًا مِّمَّنْ
اَنْجَيْنَا مِنْهُمْ ۚ وَاتَّبَعَ الَّذِيْنَ ظَلَمُوْا مَآ اُتْرِفُوْا فِيْهِ
وَكَانُوْا مُجْرِمِيْنَ ﴿١١٧﴾
وَمَا كَانَ رَبُّكَ لِيُهْلِكَ الْقُرٰى بِظُلْمٍ وَّاَهْلُهَا
مُصْلِحُوْنَ ﴿١١٨﴾
وَلَوْ شَآءَ رَبُّكَ لَجَعَلَ النَّاسَ اُمَّةً وَّاحِدَةً وَّلَا
يَزَالُوْنَ مُخْتَلِفِيْنَ ﴿١١٩﴾
اِلَّا مَنْ رَّحِمَ رَبُّكَ ۚ وَلِذٰلِكَ خَلَقَهُمْ ۚ وَتَمَّتْ كَلِمَةُ
رَبِّكَ لَاَمْلَئَنَّ جَهَنَّمَ مِنَ الْجِنَّةِ وَالنَّاسِ اَجْمَعِيْنَ ﴿١٢٠﴾
وَكُلًّا نَّقُصُّ عَلَيْكَ مِنْ اَنْۢبَآءِ الرُّسُلِ مَا نُثَبِّتُ بِهٖ
فُؤَادَكَ ۚ وَجَآءَكَ فِيْ هٰذِهِ الْحَقُّ وَمَوْعِظَةٌ وَّذِكْرٰى
لِلْمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٢١﴾
وَقُلْ لِّلَّذِيْنَ لَا يُؤْمِنُوْنَ اعْمَلُوْا عَلٰى مَكَانَتِكُمْ ۚ اِنَّا عٰمِلُوْنَ ﴿١٢٢﴾
وَانْتَظِرُوْا ۚ اِنَّا مُنْتَظِرُوْنَ ﴿١٢٣﴾
وَلِلّٰهِ غَيْبُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَاِلَيْهِ يُرْجَعُ الْاَمْرُ كُلُّهٗ
فَاعْبُدْهُ وَتَوَكَّلْ عَلَيْهِ ۚ وَمَا رَبُّكَ بِغَافِلٍ عَمَّا تَعْمَلُوْنَ ﴿١٢٤﴾

اٰيَاتُهَا ١١١ سُوْرَةُ يُوْسُفَ مَكِّيَّةٌ (١٢) رُكُوْعَاتُهَا ١٢

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Rā*. Ĉi tiuj estas la versoj de la klara Libro.

3. Vere Ni sendis ĝin – la Koranon arablingvan –, por ke vi komprenu.

4. Ni volas rakonti al vi (ho sendito) la plej belan rakonton, revelaciante al vi ĉi tiun Koranon, kvankam vi antaŭe estis unu el la nesciantoj.

5. Memoru, kiam Jozef diris al sia patro: "Ho mia patro, mi vidis dekunu stelojn kaj la sunon kaj la lunon, mi vidis ilin kliniĝi antaŭ mi".

6. Li respondis: "Ho mia fileto, ne rakontu vian songôn al viaj fratoj, alie ili elpensos atakon kontraŭ vi, ĉar Satano estas evidenta malamiko de la homo.

7. Tiel via Sinjoro elektos vin kaj Li instruos al vi la interpretadon de la paroloj kaj Li plenumos Sian gracon por vi kaj por la popolo de Jakob, kiel Li plenumis ĝin por viaj prapatroj antaŭe, por Abraham kaj Isaak. Vere via Sinjoro estas ĉioscia, saĝa.

8. Vere en Jozef kaj liaj fratoj estas signoj por la serĉantoj.

9. Kiam ili diris: "Vere Jozef kaj lia frato estas pli karaj ol ĉiu alia al nia patro, kvan-

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾
الٓرٰ تِلْكَ اٰيٰتُ الْكِتٰبِ الْمُبِيْنِ ﴿٢﴾
اِنَّآ اَنْزَلْنٰهُ قُرْءٰنًا عَرَبِيًّا لَّعَلَّكُمْ تَعْقِلُوْنَ ﴿٣﴾
نَحْنُ نَقُصُّ عَلَيْكَ اَحْسَنَ الْقَصَصِ بِمَآ اَوْحَيْنَآ
اِلَيْكَ هٰذَا الْقُرْاٰنَ ۖ وَاِنْ كُنْتَ مِنْ قَبْلِهٖ لَمِنَ
الْغٰفِلِيْنَ ﴿٤﴾
اِذْ قَالَ يُوْسُفُ لِاَبِيْهِ يٰٓاَبَتِ اِنِّيْ رَاَيْتُ اَحَدَ عَشَرَ
كَوْكَبًا وَّالشَّمْسَ وَالْقَمَرَ رَاَيْتُهُمْ لِيْ سٰجِدِيْنَ ﴿٥﴾
قَالَ يٰبُنَيَّ لَا تَقْصُصْ رُءْيَاكَ عَلٰٓى اِخْوَتِكَ فَيَكِيْدُوْا
لَكَ كَيْدًا ۗ اِنَّ الشَّيْطٰنَ لِلْاِنْسَانِ عَدُوٌّ مُّبِيْنٌ ﴿٦﴾
وَكَذٰلِكَ يَجْتَبِيْكَ رَبُّكَ وَيُعَلِّمُكَ مِنْ تَاْوِيْلِ
الْاَحَادِيْثِ وَيُتِمُّ نِعْمَتَهٗ عَلَيْكَ وَعَلٰٓى اٰلِ يَعْقُوْبَ
كَمَآ اَتَمَّهَا عَلٰٓى اَبَوَيْكَ مِنْ قَبْلُ اِبْرٰهِيْمَ وَاِسْحٰقَ ۗ
اِنَّ رَبَّكَ عَلِيْمٌ حَكِيْمٌ ﴿٧﴾ ع
لَقَدْ كَانَ فِيْ يُوْسُفَ وَاِخْوَتِهٖٓ اٰيٰتٌ لِّلسَّآئِلِيْنَ ﴿٨﴾
اِذْ قَالُوْا لَيُوْسُفُ وَاَخُوْهُ اَحَبُّ اِلٰٓى اَبِيْنَا مِنَّا وَ
نَحْنُ عُصْبَةٌ ۗ اِنَّ اَبَانَا لَفِيْ ضَلٰلٍ مُّبِيْنٍ ﴿٩﴾
اقْتُلُوْا يُوْسُفَ اَوِ اطْرَحُوْهُ اَرْضًا يَّخْلُ لَكُمْ وَجْهُ
اَبِيْكُمْ وَتَكُوْنُوْا مِنْ بَعْدِهٖ قَوْمًا صٰلِحِيْنَ ﴿١٠﴾

---

* Mi, Allah, Ĉiovida.

kam ni estas granda partio. Certe nia patro estas en evidenta eraro.

10. Mortigu Jozefon aŭ forpelu lin al malproksima lando. Poste vi ĝuos la atenton de via patro kaj vi ŝajnos poste popolo justa",

11. tiam diris unu el ili: "Ne mortigu Jozefon, ĵetu lin prefere en la profundaĵon de puto; iu el la karavano elirigos lin, se vi tion faros".

12. Ili diris: "Ho nia patro! Kial vi ne konfidas al ni Jozefon? Ni vere havas bonajn intencojn pri li!

13. Sendu lin morgaŭ kun ni, por ke li sin amuzu kaj ludu; ni vere gardos lin sekure".

14. Li diris: "Min maltrankviligas, ke vi volas konduki lin for, kaj mi timas, ke lupo manĝos lin, dum vi ne prigardos lin".

15. Ili diris: "Se lupo manĝus lin, kvankam ni estas granda partio, tiam ni vere estus perdantoj".

16. Kiam ili kondukis lin for, kaj akordiĝis por ĵeti lin en la profundaĵon de puto, Ni sendis al li la revelacion: "Vere vi sciigos al ili ĉi tiun ilian agon, sed ili ne komprenos".

17. Vespere ili venis plorante al sia patro.

18. Ili diris: "Ho nia patro! Ni konkuris unu kun la alia kaj lasis Jozefon ĉe niaj vestaĵoj kaj lupo manĝis lin. Vi certe ne kredos al ni, kvankam ni estas sinceraj".

19. Ili venis kun falsa sango sur lia tuniko. Li diris: "Ne! Via fantazio trompis vin. Mi do nur devas pacienci konvene. Allah devas esti alvokata, por ke Li helpu kontraŭ tio, kion vi rakontas".

قَالَ قَآئِلٌ مِّنْهُمْ لَا تَقْتُلُوا يُوسُفَ وَأَلْقُوهُ فِي
غَيٰبَتِ الْجُبِّ يَلْتَقِطْهُ بَعْضُ السَّيَّارَةِ إِنْ كُنْتُمْ
فٰعِلِينَ (١١)
قَالُوا يٰٓأَبَانَا مَا لَكَ لَا تَأْمَنَّا عَلٰى يُوسُفَ وَإِنَّا
لَهُ لَنٰصِحُونَ (١٢)
أَرْسِلْهُ مَعَنَا غَدًا يَرْتَعْ وَيَلْعَبْ وَإِنَّا لَهُ لَحٰفِظُونَ (١٣)
قَالَ إِنِّي لَيَحْزُنُنِيٓ أَنْ تَذْهَبُوا بِهِ وَأَخَافُ أَنْ
يَأْكُلَهُ الذِّئْبُ وَأَنْتُمْ عَنْهُ غٰفِلُونَ (١٤)
قَالُوا لَئِنْ أَكَلَهُ الذِّئْبُ وَنَحْنُ عُصْبَةٌ إِنَّآ إِذًا
لَّخٰسِرُونَ (١٥)
فَلَمَّا ذَهَبُوا بِهِ وَأَجْمَعُوٓا أَنْ يَجْعَلُوهُ فِي غَيٰبَتِ الْجُبِّ
وَأَوْحَيْنَآ إِلَيْهِ لَتُنَبِّئَنَّهُمْ بِأَمْرِهِمْ هٰذَا وَهُمْ
لَا يَشْعُرُونَ (١٦)
وَجَآءُوٓ أَبَاهُمْ عِشَآءً يَبْكُونَ (١٧)
قَالُوا يٰٓأَبَانَآ إِنَّا ذَهَبْنَا نَسْتَبِقُ وَتَرَكْنَا يُوسُفَ
عِنْدَ مَتَاعِنَا فَأَكَلَهُ الذِّئْبُ وَمَآ أَنْتَ بِمُؤْمِنٍ لَّنَا
وَلَوْ كُنَّا صٰدِقِينَ (١٨)
وَجَآءُو عَلٰى قَمِيصِهِ بِدَمٍ كَذِبٍ قَالَ بَلْ سَوَّلَتْ
لَكُمْ أَنْفُسُكُمْ أَمْرًا فَصَبْرٌ جَمِيلٌ وَاللّٰهُ الْمُسْتَعَانُ
عَلٰى مَا تَصِفُونَ (١٩)
وَجَآءَتْ سَيَّارَةٌ فَأَرْسَلُوا وَارِدَهُمْ فَأَدْلٰى دَلْوَهُ
قَالَ يٰبُشْرٰى هٰذَا غُلٰمٌ وَأَسَرُّوهُ بِضٰعَةً وَاللّٰهُ

8. Memoru, kiam anoncis via Sinjoro: "Se vi estos dankaj, Mi donos al vi eĉ plie, sed se vi estos sendankaj, tiam vere Mia puno estos severa".

9. Diris Moseo: "Se vi estas miskredantoj, vi kaj ĉiu ajn, kiu estas sur la tero – vere Allah estas memsufiĉa, laŭdegenda".

10. Ĉu ne venis al vi la novaĵo de tiuj, kiuj estis antaŭ vi, el la popolo de Noa kaj el la triboj Aad kaj Tamūd kaj de tiuj, kiuj vivis post ili? Neniu konas ilin krom Allah. Iliaj senditoj venis kun signoj evidentaj, tamen ili tenis siajn manojn antaŭ sia buŝo kaj diris: "Ni ne kredas je tio, kun kio vi estis senditaj, kaj ni estas en maltrankviliga dubo pri tio, al kio vi instigas nin".

11. Diris iliaj senditoj: "Ĉu estas dubo en Allah, la Kreinto de la ĉieloj kaj de la tero? Li vokas vin por pardoni al vi viajn pekojn kaj por konsenti al vi prokraston ĝis fiksita limtempo". Ili diris: "Vi estas nur homoj kiel ni. Vi volas devojigi nin de tio, kion niaj patroj adoris. Do alportu al ni klaran pruvon".

12. Diris al ili iliaj profetoj: "Ni estas nur homoj kiel vi, sed Allah donas Sian favoron, al kiu Li volas el Siaj servantoj. Ne konvenas al ni alporti pruvon krom per la dekreto de Allah. Je Allah fidu la kredantoj".

13. Kial do ni ne fidus je Allah? Vere Li montris al ni nian vojon. Ni suferos pacience ĉian ajn malbonon, kion vi faros al ni. Je Allah fidu la fidantoj.

كَفَرْتُمْ إِنَّ عَذَابِي لَشَدِيدٌ ﴿٨﴾
وَقَالَ مُوسَىٰ إِن تَكْفُرُوا أَنتُمْ وَمَن فِي الْأَرْضِ
جَمِيعًا فَإِنَّ اللَّهَ لَغَنِيٌّ حَمِيدٌ ﴿٩﴾
أَلَمْ يَأْتِكُمْ نَبَأُ الَّذِينَ مِن قَبْلِكُمْ قَوْمِ نُوحٍ وَعَادٍ
وَثَمُودَ ۛ وَالَّذِينَ مِن بَعْدِهِمْ ۛ لَا يَعْلَمُهُمْ إِلَّا اللَّهُ ۚ
جَاءَتْهُمْ رُسُلُهُم بِالْبَيِّنَاتِ فَرَدُّوا أَيْدِيَهُمْ فِي أَفْوَاهِهِمْ
وَقَالُوا إِنَّا كَفَرْنَا بِمَا أُرْسِلْتُم بِهِ وَإِنَّا لَفِي شَكٍّ مِّمَّا
تَدْعُونَنَا إِلَيْهِ مُرِيبٍ ﴿١٠﴾
قَالَتْ رُسُلُهُمْ أَفِي اللَّهِ شَكٌّ فَاطِرِ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ
يَدْعُوكُمْ لِيَغْفِرَ لَكُم مِّن ذُنُوبِكُمْ وَيُؤَخِّرَكُمْ إِلَىٰ أَجَلٍ
مُّسَمًّى ۚ قَالُوا إِنْ أَنتُمْ إِلَّا بَشَرٌ مِّثْلُنَا تُرِيدُونَ أَن
تَصُدُّونَا عَمَّا كَانَ يَعْبُدُ آبَاؤُنَا فَأْتُونَا بِسُلْطَانٍ
مُّبِينٍ ﴿١١﴾
قَالَتْ لَهُمْ رُسُلُهُمْ إِن نَّحْنُ إِلَّا بَشَرٌ مِّثْلُكُمْ وَ
لَٰكِنَّ اللَّهَ يَمُنُّ عَلَىٰ مَن يَشَاءُ مِنْ عِبَادِهِ ۖ وَمَا كَانَ
لَنَا أَن نَّأْتِيَكُم بِسُلْطَانٍ إِلَّا بِإِذْنِ اللَّهِ ۚ وَعَلَى اللَّهِ
فَلْيَتَوَكَّلِ الْمُؤْمِنُونَ ﴿١٢﴾
وَمَا لَنَا أَلَّا نَتَوَكَّلَ عَلَى اللَّهِ وَقَدْ هَدَانَا سُبُلَنَا ۚ
وَلَنَصْبِرَنَّ عَلَىٰ مَا آذَيْتُمُونَا ۚ وَعَلَى اللَّهِ فَلْيَتَوَكَّلِ
الْمُتَوَكِّلُونَ ﴿١٣﴾ ع
وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا لِرُسُلِهِمْ لَنُخْرِجَنَّكُم مِّنْ
أَرْضِنَا أَوْ لَتَعُودُنَّ فِي مِلَّتِنَا ۖ فَأَوْحَىٰ إِلَيْهِمْ رَبُّهُمْ

14. Diris la miskredantoj al siaj senditoj: ”Ni certe forpelos vin el nia lando, se vi ne konvertiĝos denove al nia religio”. Tiam ilia Sinjoro sendis al ili la revelacion: ”Ni certe neniigos la malbonfarantojn,

15. kaj Ni certe igos vin loĝi en tiu lando post ili. Tio estas por tiu, kiu ne kuraĝas stari defiante antaŭ Mi, kaj respektegas Mian admonon”.

16. La senditoj petegis la venkon, kaj ĉiu fierega malamiko estis humiligita.

17. Antaŭ li estas la infero kaj li estos sensoifigita per bolanta akvo.

18. Li trinketos el ĝi, sed li ne kapablos engluti ĝin, kaj al li venos la morto el ĉiuj flankoj, sed li ne mortos; anstataŭe estos por li terura turmento.

19. Similaĵo de tiuj, kiuj ne kredas je sia Sinjoro: iliaj verkoj estas kiel cindro, sur kiun forte blovas vento en uragana tago. Ili ne havos iun ajn povon super tio, kion ili meritis. Tio estas vere la erarado plej granda.

20. Ĉu vi ne vidas, ke Allah kreis la ĉielojn kaj la teron per la vero? Se Li volas, Li povas neniigi vin kaj estigi novan kreon.

21. Tio vere ne estas malfacila por Allah.

22. Ili ĉiuj venos antaŭ Allahon, kaj diros tiam la malfortuloj al la fieruloj: ”Certe ni sekvis vin, ĉu vi do ne povas forpreni de ni iom el la puno de Allah? ”. Ili diros: ”Se Allah estus montrinta al ni la vojon, ni montrus al vi la vojon. Estas egale por ni, ĉu ni estas malpaciencaj aŭ paciencaj; por ni ne estas savo”.

لَنُهْلِكَنَّ الظّٰلِمِيْنَ ﴿١٣﴾
وَلَنُسْكِنَنَّكُمُ الْاَرْضَ مِنْۢ بَعْدِهِمْ ؕ ذٰلِكَ لِمَنْ
خَافَ مَقَامِيْ وَخَافَ وَعِيْدِ ﴿١٥﴾
وَاسْتَفْتَحُوْا وَخَابَ كُلُّ جَبَّارٍ عَنِيْدٍ ﴿١٦﴾
مِّنْ وَّرَآئِهٖ جَهَنَّمُ وَيُسْقٰى مِنْ مَّآءٍ صَدِيْدٍ ﴿١٧﴾
يَّتَجَرَّعُهٗ وَلَا يَكَادُ يُسِيْغُهٗ وَيَاْتِيْهِ الْمَوْتُ مِنْ
كُلِّ مَكَانٍ وَّمَا هُوَ بِمَيِّتٍ ؕ وَمِنْ وَّرَآئِهٖ عَذَابٌ
غَلِيْظٌ ﴿١٨﴾
مَثَلُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا بِرَبِّهِمْ اَعْمَالُهُمْ كَرَمَادِ
اِشْتَدَّتْ بِهِ الرِّيْحُ فِيْ يَوْمٍ عَاصِفٍ ؕ لَا يَقْدِرُوْنَ
مِمَّا كَسَبُوْا عَلٰى شَيْءٍ ؕ ذٰلِكَ هُوَ الضَّلٰلُ الْبَعِيْدُ ﴿١٩﴾
اَلَمْ تَرَ اَنَّ اللّٰهَ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ بِالْحَقِّ ؕ
اِنْ يَّشَاْ يُذْهِبْكُمْ وَيَاْتِ بِخَلْقٍ جَدِيْدٍ ﴿٢٠﴾
وَّمَا ذٰلِكَ عَلَى اللّٰهِ بِعَزِيْزٍ ﴿٢١﴾
وَبَرَزُوْا لِلّٰهِ جَمِيْعًا فَقَالَ الضُّعَفٰٓؤُا لِلَّذِيْنَ اسْتَكْبَرُوْٓا
اِنَّا كُنَّا لَكُمْ تَبَعًا فَهَلْ اَنْتُمْ مُّغْنُوْنَ عَنَّا مِنْ
عَذَابِ اللّٰهِ مِنْ شَيْءٍ ؕ قَالُوْا لَوْ هَدٰىنَا اللّٰهُ لَهَدَيْنٰكُمْ ؕ
سَوَآءٌ عَلَيْنَآ اَجَزِعْنَآ اَمْ صَبَرْنَا مَا لَنَا مِنْ مَّحِيْصٍ ﴿٢٢﴾ ع
وَقَالَ الشَّيْطٰنُ لَمَّا قُضِيَ الْاَمْرُ اِنَّ اللّٰهَ وَعَدَكُمْ
وَعْدَ الْحَقِّ وَوَعَدْتُّكُمْ فَاَخْلَفْتُكُمْ ؕ وَمَا كَانَ لِيَ
عَلَيْكُمْ مِّنْ سُلْطٰنٍ اِلَّآ اَنْ دَعَوْتُكُمْ فَاسْتَجَبْتُمْ لِيْ ۚ
فَلَا تَلُوْمُوْنِيْ وَلُوْمُوْٓا اَنْفُسَكُمْ ؕ مَآ اَنَا بِمُصْرِخِكُمْ

23. Kiam la afero estos decidita, diros Satano: "Vere Allah anoncis al vi anoncon de la vero, mi tamen anoncis al vi kaj ne plenumis, kaj mi ne havis iun povon super vi, krom ke mi vokis vin kaj vi obeis min. Do ne riproĉu min, sed riproĉu vin mem. Mi ne povas helpi vin kaj vi ne povas helpi min. Mi vere jam rifuzis, ke vi aldonu min al Dio kiel rivalon". Vere por la malbonfarantoj estos terura turmento.

24. Tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, estos kondukitaj en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj; tie ili restos por ĉiam laŭ la dekreto de sia Sinjoro. Ilia saluto tie estos: "Pacon! ".

25. Ĉu vi ne vidas, kiel Allah donas instruon per bona vorto? Ĝi estas kiel bona arbo, kies radiko estas fortikega, kaj kies branĉoj atingas la ĉielon.

26. Ĝi estigas siajn fruktojn ĉie pro la dekreto de sia Sinjoro. Allah faras similaĵojn por la homoj, por ke ili pripensu;

27. malbona vorto estas male kiel malbona arbo, kiu estas elradikigita el la tero kaj ne havas forton.

28. Allah plifortigas la kredantojn per la vorto, kiu estas firme fundamentita en ĉi tiu kaj en la venonta vivo, kaj Allah permesas, ke la malbonfarantoj eraru, kaj Allah faras, kion Li volas.

29. Ĉu vi ne vidis tiujn, kiuj aĉetis la miskredon kontraŭ la graco de Allah, kaj kondukis sian popolon en la domon de la pereo,

30. en la inferon? En ĝin ili eniros. Malbonega estas tiu restadejo!

31. Ili aldonis al Allah rivalojn por devojigi de Lia afero. Diru: "Ĝoju iomete, certe poste iros via vojaĝo al la fajro".

وَمَآ أَنتُم بِمُصْرِخِيَّ إِنِّي كَفَرْتُ بِمَآ أَشْرَكْتُمُونِ
مِن قَبْلُ إِنَّ الظَّـٰلِمِينَ لَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٢٢﴾
وَأُدْخِلَ الَّذِينَ ءَامَنُوا وَعَمِلُوا الصَّـٰلِحَـٰتِ جَنَّـٰتٍ تَجْرِي
مِن تَحْتِهَا الْأَنْهَـٰرُ خَـٰلِدِينَ فِيهَا بِإِذْنِ رَبِّهِمْ تَحِيَّتُهُمْ
فِيهَا سَلَـٰمٌ ﴿٢٣﴾
أَلَمْ تَرَ كَيْفَ ضَرَبَ اللَّهُ مَثَلًا كَلِمَةً طَيِّبَةً كَشَجَرَةٍ
طَيِّبَةٍ أَصْلُهَا ثَابِتٌ وَفَرْعُهَا فِي السَّمَآءِ ﴿٢٤﴾
تُؤْتِيٓ أُكُلَهَا كُلَّ حِينٍ بِإِذْنِ رَبِّهَا وَيَضْرِبُ اللَّهُ
الْأَمْثَالَ لِلنَّاسِ لَعَلَّهُمْ يَتَذَكَّرُونَ ﴿٢٥﴾
وَمَثَلُ كَلِمَةٍ خَبِيثَةٍ كَشَجَرَةٍ خَبِيثَةٍ اجْتُثَّتْ
مِن فَوْقِ الْأَرْضِ مَا لَهَا مِن قَرَارٍ ﴿٢٦﴾
يُثَبِّتُ اللَّهُ الَّذِينَ ءَامَنُوا بِالْقَوْلِ الثَّابِتِ فِي الْحَيَوٰةِ
الدُّنْيَا وَفِي الْءَاخِرَةِ وَيُضِلُّ اللَّهُ الظَّـٰلِمِينَ وَ
يَفْعَلُ اللَّهُ مَا يَشَآءُ ﴿٢٧﴾ ع
أَلَمْ تَرَ إِلَى الَّذِينَ بَدَّلُوا نِعْمَتَ اللَّهِ كُفْرًا وَأَحَلُّوا
قَوْمَهُمْ دَارَ الْبَوَارِ ﴿٢٨﴾
جَهَنَّمَ يَصْلَوْنَهَا وَبِئْسَ الْقَرَارُ ﴿٢٩﴾
وَجَعَلُوا لِلَّهِ أَندَادًا لِّيُضِلُّوا عَن سَبِيلِهِ قُلْ تَمَتَّعُوا
فَإِنَّ مَصِيرَكُمْ إِلَى النَّارِ ﴿٣٠﴾
قُل لِّعِبَادِيَ الَّذِينَ ءَامَنُوا يُقِيمُوا الصَّلَوٰةَ وَيُنفِقُوا
مِمَّا رَزَقْنَـٰهُمْ سِرًّا وَعَلَانِيَةً مِّن قَبْلِ أَن يَأْتِيَ
يَوْمٌ لَّا بَيْعٌ فِيهِ وَلَا خِلَـٰلٌ ﴿٣١﴾

32. Diru al Miaj servantoj, kiuj kredas, kiuj levas la preĝon kaj disdonas almozojn el tio, kion Ni donis al ili, kaŝe aŭ malkaŝe, antaŭ ol venos tago, en kiu ne estos komerco nek amikeco.

33. Estas Allah, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron kaj sendis akvon el la nuboj; Li do estigis per ĝi fruktojn por via vivteno kaj servigis al vi la ŝipojn, kiuj sulkas la maron laŭ Lia ordono kaj Li servigis al vi la riverojn,

34. kaj Li servigis al vi la sunon kaj la lunon senĉese revenantajn, kaj servigis al vi la nokton kaj la tagon,

35. kaj Li donis al vi ĉion, kion vi deziris ricevi de Li, kaj se vi volus nombri la favorojn de Allah, vi ne povus nombri ilin ĉiujn. Vere la homo estas malbonfaranta, sendanka.

36. Memoru, kiam Abraham diris: "Ho mia Sinjoro, faru ĉi tiun urbon ejo de paco kaj ne lasu min kaj miajn filojn adori la idolojn.

37. Ho mia Sinjoro! Vere ili devojigis multajn homojn. Kiu nun sekvas min, apartenas al mi, kaj kiu malobeas min – vidu, vere Vi estas senkulpigema, pardonema.

38. Nia Sinjoro, mi loĝigis parton de mia idaro en nefekunda valo apud Via sankta Domo, ho nia Sinjoro, por ke ili levu la preĝon. Do faru la korojn de la homoj inklinaj al ĉio, kaj provizu ilin per fruktoj, por ke ili estu dankaj!

39. Ho nia Sinjoro, certe Vi scias, kion ni kaŝas kaj kion ni malkaŝas, kaj nenio estas kaŝita antaŭ Allah sur la tero kaj en la ĉielo.

40. Estu laŭdegata Allah, kiu donacis al mi malgraŭ mia aĝo Iŝmaelon kaj Isaakon. Vere mia Sinjoro elaŭdas la preĝojn.

اَللّٰهُ الَّذِيْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ وَاَنْزَلَ مِنَ
السَّمَآءِ مَآءً فَاَخْرَجَ بِهٖ مِنَ الثَّمَرٰتِ رِزْقًا لَّكُمْ
وَسَخَّرَ لَكُمُ الْفُلْكَ لِتَجْرِيَ فِي الْبَحْرِ بِاَمْرِهٖ
وَسَخَّرَ لَكُمُ الْاَنْهٰرَ ﴿٣٢﴾
وَسَخَّرَ لَكُمُ الشَّمْسَ وَالْقَمَرَ دَآئِبَيْنِ وَسَخَّرَ
لَكُمُ الَّيْلَ وَالنَّهَارَ ﴿٣٣﴾
وَاٰتٰىكُمْ مِّنْ كُلِّ مَا سَاَلْتُمُوْهُ وَاِنْ تَعُدُّوْا نِعْمَتَ
اللّٰهِ لَا تُحْصُوْهَا اِنَّ الْاِنْسَانَ لَظَلُوْمٌ كَفَّارٌ ﴿٣٤﴾ ع
وَاِذْ قَالَ اِبْرٰهِيْمُ رَبِّ اجْعَلْ هٰذَا الْبَلَدَ اٰمِنًا
وَّاجْنُبْنِيْ وَبَنِيَّ اَنْ نَّعْبُدَ الْاَصْنَامَ ﴿٣٥﴾
رَبِّ اِنَّهُنَّ اَضْلَلْنَ كَثِيْرًا مِّنَ النَّاسِ فَمَنْ تَبِعَنِيْ
فَاِنَّهٗ مِنِّيْ وَمَنْ عَصَانِيْ فَاِنَّكَ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿٣٦﴾
رَبَّنَآ اِنِّيْ اَسْكَنْتُ مِنْ ذُرِّيَّتِيْ بِوَادٍ غَيْرِ ذِيْ زَرْعٍ
عِنْدَ بَيْتِكَ الْمُحَرَّمِ رَبَّنَا لِيُقِيْمُوا الصَّلٰوةَ فَاجْعَلْ
اَفْـِٕدَةً مِّنَ النَّاسِ تَهْوِيْ اِلَيْهِمْ وَارْزُقْهُمْ مِّنَ
الثَّمَرٰتِ لَعَلَّهُمْ يَشْكُرُوْنَ ﴿٣٧﴾
رَبَّنَآ اِنَّكَ تَعْلَمُ مَا نُخْفِيْ وَمَا نُعْلِنُ وَمَا يَخْفٰى
عَلَى اللّٰهِ مِنْ شَيْءٍ فِي الْاَرْضِ وَلَا فِي السَّمَآءِ ﴿٣٨﴾
اَلْحَمْدُ لِلّٰهِ الَّذِيْ وَهَبَ لِيْ عَلَى الْكِبَرِ اِسْمٰعِيْلَ
وَاِسْحٰقَ اِنَّ رَبِّيْ لَسَمِيْعُ الدُّعَآءِ ﴿٣٩﴾
رَبِّ اجْعَلْنِيْ مُقِيْمَ الصَّلٰوةِ وَمِنْ ذُرِّيَّتِيْ رَبَّنَا
وَتَقَبَّلْ دُعَآءِ ﴿٤٠﴾

41. Ho mia Sinjoro, igu min kaj mian idaron levi la preĝon. Ho nia Sinjoro, akceptu mian preĝon!

42. Ho nia Sinjoro, pardonu min kaj miajn gepatrojn kaj la kredantojn en la tago, en kiu estiĝos la juĝo! ".

43. Ne imagu, ke Allah ignoras, kion faras la malbonfarantoj. Vere Li konsentas al ili prokraston ĝis la tago, en kiu la rigardo fariĝos fiksa,

44. kiam ili ŝanceliĝos antaŭen en timego, kun rektaj kapoj; ilia rigardo ne revenos al ili kaj iliaj koroj estos malplenaj.

45. Admonu la homaron pri la tago, en kiu venos al ili la puno. La malbonfarantoj diros: "Ho nia Sinjoro, konsentu al ni prokraston por mallonga tempo. Ni volas respondi al Via voko kaj sekvi la senditojn". "Ĉu vi ne ĵuris antaŭe, ke vin ne trafos pereo?

46. Vi loĝas en la domoj de tiuj, kiuj pekegis kontraŭ si mem, kaj por vi estis manifestite, kiel Ni agis kontraŭ ili, kaj Ni estigis por vi evidentajn pruvojn".

47. Vere ili faris siajn maĥinaciojn, sed iliaj maĥinacioj estus ĉe Allah eĉ se ili estus tiaj, ke ili povus elmovi la montojn.

48. Ne imagu do, ke Allah ne plenumos Sian promeson al Siaj senditoj. Vere Allah estas ĉiopova, la Sinjoro de la repago.

49. En la tago, en kiu la tero ŝanĝiĝos en alian teron kaj ankaŭ la ĉieloj kaj ili venos ĉiuj antaŭ Allahon, la Unu, la Eminentan.

50. Vi vidos en tiu tago la kulpulojn ligitaj per katenoj.

ربنا اغفر لي ولوالدي وللمؤمنين يوم يقوم
ع الحساب ﴿٤٢﴾
ولا تحسبن الله غافلا عما يعمل الظلمون إنما
يؤخرهم ليوم تشخص فيه الأبصار ﴿٤٣﴾
مهطعين مقنعي رءوسهم لا يرتد إليهم طرفهم
وأفئدتهم هواء ﴿٤٤﴾
وأنذر الناس يوم يأتيهم العذاب فيقول
الذين ظلموا ربنا أخرنا إلى أجل قريب نجب
دعوتك ونتبع الرسل أولم تكونوا أقسمتم
من قبل ما لكم من زوال ﴿٤٥﴾
وسكنتم في مسكن الذين ظلموا أنفسهم وتبين
لكم كيف فعلنا بهم وضربنا لكم الأمثال ﴿٤٦﴾
وقد مكروا مكرهم وعند الله مكرهم وإن
كان مكرهم لتزول منه الجبال ﴿٤٧﴾
فلا تحسبن الله مخلف وعده رسله إن الله
عزيز ذو انتقام ﴿٤٨﴾
يوم تبدل الأرض غير الأرض والسموت وبرزوا
لله الواحد القهار ﴿٤٩﴾
وترى المجرمين يومئذ مقرنين في الأصفاد ﴿٥٠﴾
سرابيلهم من قطران وتغشى وجوههم النار ﴿٥١﴾
ليجزي الله كل نفس ما كسبت إن الله سريع الحساب ﴿٥٢﴾
هذا بلغ للناس ولينذروا به وليعلموا أنما هو

51. Iliaj vestaĵoj estos el peĉo kaj la fajro ĉirkaŭos iliajn vizaĝojn,

52. por ke Allah rekompencu la animojn pro tio, kion ĉiu el ili meritis. Vere Allah estas rapida je l' juĝo.

53. Ĉi tio estas senditaĵo por la homoj, por ke ili estu admonitaj, kaj por ke ili sciu, ke Li estas la ununura Dio, kaj por ke la prudentuloj pripensu.

ع إِلَٰهٌ وَاحِدٌ وَلِيَذَّكَّرَ أُولُوا الْأَلْبَابِ ٥٢




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lâm Rā**. Jen versoj de la Libro kaj de la klara Korano.

■ Fino de la 13-a parto

3. Ofte deziros la miskredantoj esti Islamanoj.

4. Lasu ilin manĝegi kaj ĝui, por ke ilin lulu vana espero; baldaŭ ili ekscios.

5. Ni ĉiam detruis urbon nur, post kiam Ni publikigis leĝon bone konatan.

6. Neniu popolo povas akceli sian limtempon nek prokrasti ĝin.

7. Ili diras: "Ho vi, al kiu estis sendita la admono, vi certe estas frenezulo.

8. Kial vi ne kondukas al ni anĝelojn, se vi estas sincera? ".

9. Ni ne sendas anĝelojn, krom pro grava kaŭzo, kaj poste al ili ne estos konsentita prokrasto.

10. Vere, Ni sendis la Admonon kaj Ni certe estos Gardanto super ĝi,

11. kaj certe Ni sendis antaŭe senditojn al antaŭaj gentoj,

12. kaj ĉiam, kiam venis al ili sendito, ili mokis lin.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
الٓرٰ تِلْكَ اٰيٰتُ الْكِتٰبِ وَ قُرْاٰنٍ مُّبِيْنٍ (٢)
رُبَمَا يَوَدُّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَوْ كَانُوْا مُسْلِمِيْنَ (٣)
ذَرْهُمْ يَاْكُلُوْا وَ يَتَمَتَّعُوْا وَ يُلْهِهِمُ الْاَمَلُ فَسَوْفَ
يَعْلَمُوْنَ (٤)
وَ مَآ اَهْلَكْنَا مِنْ قَرْيَةٍ اِلَّا وَلَهَا كِتَابٌ مَّعْلُوْمٌ (٥)
مَا تَسْبِقُ مِنْ اُمَّةٍ اَجَلَهَا وَمَا يَسْتَاْخِرُوْنَ (٦)
وَ قَالُوْا يٰاَيُّهَا الَّذِيْ نُزِّلَ عَلَيْهِ الذِّكْرُ اِنَّكَ لَمَجْنُوْنٌ (٧)
لَوْ مَا تَاْتِيْنَا بِالْمَلٰٓئِكَةِ اِنْ كُنْتَ مِنَ الصّٰدِقِيْنَ (٨)
مَا نُنَزِّلُ الْمَلٰٓئِكَةَ اِلَّا بِالْحَقِّ وَمَا كَانُوْٓا اِذًا مُّنْظَرِيْنَ (٩)
اِنَّا نَحْنُ نَزَّلْنَا الذِّكْرَ وَاِنَّا لَهٗ لَحٰفِظُوْنَ (١٠)
وَلَقَدْ اَرْسَلْنَا مِنْ قَبْلِكَ فِيْ شِيَعِ الْاَوَّلِيْنَ (١١)
وَمَا يَاْتِيْهِمْ مِّنْ رَّسُوْلٍ اِلَّا كَانُوْا بِهٖ يَسْتَهْزِءُوْنَ (١٢)
كَذٰلِكَ نَسْلُكُهٗ فِيْ قُلُوْبِ الْمُجْرِمِيْنَ (١٣)
لَا يُؤْمِنُوْنَ بِهٖ وَ قَدْ خَلَتْ سُنَّةُ الْاَوَّلِيْنَ (١٤)
وَلَوْ فَتَحْنَا عَلَيْهِمْ بَابًا مِّنَ السَّمَآءِ فَظَلُّوْا فِيْهِ يَعْرُجُوْنَ (١٥)
لَقَالُوْٓا اِنَّمَا سُكِّرَتْ اَبْصَارُنَا بَلْ نَحْنُ قَوْمٌ مَّسْحُوْرُوْنَ (١٦)
وَلَقَدْ جَعَلْنَا فِي السَّمَآءِ بُرُوْجًا وَّزَيَّنّٰهَا لِلنّٰظِرِيْنَ (١٧)
وَحَفِظْنٰهَا مِنْ كُلِّ شَيْطٰنٍ رَّجِيْمٍ (١٨)

---

* v. la verson 81an
** Mi, Allah, Ĉiovida

13. Tiel Ni permesas tion eniri la korojn de la pekuloj.

14. Ili ne kredas, kvankam la ekzemplo de la gvidantoj jam venis.

15. Eĉ se Ni malfermus por ili la pordon de la Paradizo kaj ili komencus eniri tra ĝi,

16. certe ili dirus: "Vere niaj rigardoj estas nur konfuzitaj; jen, ni estas ensorĉita popolo".

17 Vere Ni estigis turojn en la ĉielo kaj Ni ornamis ĝin por la rigardantoj,

18. kaj Ni gardis ĝin kontraŭ ĉiu Satano malbenita,

19. krom kontraŭ tiu, kiu kaŝe aŭskultas; poste persekutas lin hela flamo.

20. Ni ebenigis la teron kaj Ni metis sur ĝin montojn kaj Ni kreskigis sur ĝi ĉion laŭ ĝusta proporcio,

21. kaj Ni estigis por vi en ĝi la aĵojn por via vivteno kaj por la vivteno de tiuj, kiujn vi ne provizas.

22. Nenio ekzistas, da kio Ni ne posedas trezorojn, sed Ni sendas el ĝi nur fiksitan kvanton.

23. Kaj Ni sendis fekundigajn ventojn, kaj Ni sendis akvon el la nuboj kaj donis ĝin al vi por trinki, kaj vi ne povas akapari ĝin.

24. Ni vere donas la vivon kaj la morton kaj Ni sola estas la Heredonto,

25. kaj Ni vere bone konas inter vi la antaŭenirantojn kaj la malfruantojn.

26. Vere estas via Sinjoro, kiu kunvenigos ilin. Li certe estas saĝa, ĉioscia.

إِلَّا مَنِ اسْتَرَقَ السَّمْعَ فَأَتْبَعَهُ شِهَابٌ مُّبِينٌ ١٩

وَالْأَرْضَ مَدَدْنَاهَا وَأَلْقَيْنَا فِيهَا رَوَاسِيَ وَأَنبَتْنَا
فِيهَا مِن كُلِّ شَيْءٍ مَّوْزُونٍ ٢٠

وَجَعَلْنَا لَكُمْ فِيهَا مَعَايِشَ وَمَن لَّسْتُمْ لَهُ
بِرَازِقِينَ ٢١

وَإِن مِّن شَيْءٍ إِلَّا عِندَنَا خَزَائِنُهُ وَمَا نُنَزِّلُهُ
إِلَّا بِقَدَرٍ مَّعْلُومٍ ٢٢

وَأَرْسَلْنَا الرِّيَاحَ لَوَاقِحَ فَأَنزَلْنَا مِنَ السَّمَاءِ مَاءً
فَأَسْقَيْنَاكُمُوهُ وَمَا أَنتُمْ لَهُ بِخَازِنِينَ ٢٣

وَإِنَّا لَنَحْنُ نُحْيِي وَنُمِيتُ وَنَحْنُ الْوَارِثُونَ ٢٤

وَلَقَدْ عَلِمْنَا الْمُسْتَقْدِمِينَ مِنكُمْ وَلَقَدْ عَلِمْنَا
الْمُسْتَأْخِرِينَ ٢٥

ع وَإِنَّ رَبَّكَ هُوَ يَحْشُرُهُمْ إِنَّهُ حَكِيمٌ عَلِيمٌ ٢٦

وَلَقَدْ خَلَقْنَا الْإِنسَانَ مِن صَلْصَالٍ مِّنْ حَمَإٍ
مَّسْنُونٍ ٢٧

وَالْجَانَّ خَلَقْنَاهُ مِن قَبْلُ مِن نَّارِ السَّمُومِ ٢٨

وَإِذْ قَالَ رَبُّكَ لِلْمَلَائِكَةِ إِنِّي خَالِقٌ بَشَرًا مِّن صَلْصَالٍ
مِّنْ حَمَإٍ مَّسْنُونٍ ٢٩

فَإِذَا سَوَّيْتُهُ وَنَفَخْتُ فِيهِ مِن رُّوحِي فَقَعُوا لَهُ
سَاجِدِينَ ٣٠

فَسَجَدَ الْمَلَائِكَةُ كُلُّهُمْ أَجْمَعُونَ ٣١

إِلَّا إِبْلِيسَ أَبَىٰ أَن يَكُونَ مَعَ السَّاجِدِينَ ٣٢

27. Ni vere kreis la homon el seka argilo, el nigra knedita koto,

28. kaj la Ĝinnojn Ni kreis antaŭe el la fajro de la varmega vento.

29. Memoru, kiam via Sinjoro diris al la anĝeloj: "Mi vere volas krei la homon el seka argilo, el nigra knedita koto;

30. kaj kiam Mi estos perfekte forminta lin, kaj blovinta en lin Mian spiriton, vi falu antaŭ li teren, terenkuŝiĝante",

31. kaj la anĝeloj ĉiuj terenkuŝiĝis

32. krom Iblīs; li rifuzis terenkuŝiĝi.

33. Dio diris: "Ho Iblīs, kio okazis al vi, ke vi rifuzas terenkuŝiĝi? ".

34. Li respondis: "Neniam mi terenkuŝiĝos antaŭ homo, kiun Vi kreis el seka argilo, el nigra knedita koto".

35. Li diris: "Do eliru el ĉi tie, ĉar vi vere estas malbenita.

36. Vere la malbeno estu sur vi ĝis la Juĝtago".

37. Li diris: "Ho mia Sinjoro, konsentu do al mi prokraston ĝis la tago de la reviviĝo".

38. Dio respondis: "Vi estu unu el tiuj, al kiuj estas konsentita prokrasto,

39. ĝis la tago de la tempo fiksita".

40. Li diris: "Ho mia Sinjoro, ĉar Vi deklaris min pereinta, mi beligos al ili la malbonon sur la tero, kaj vere mi erarigos ilin ĉiujn,

41. krom viajn elektitajn servantojn inter ili".

42. Li diris: "Ĉi tiu estas rekta vojo al Mi,

43. vere super Miaj servantoj vi ne havas

قَالَ يَٰٓإِبۡلِيسُ مَا لَكَ أَلَّا تَكُونَ مَعَ ٱلسَّٰجِدِينَ ٣٢
قَالَ لَمۡ أَكُن لِّأَسۡجُدَ لِبَشَرٍ خَلَقۡتَهُۥ مِن صَلۡصَٰلٖ
مِّنۡ حَمَإٖ مَّسۡنُونٖ ٣٣
قَالَ فَٱخۡرُجۡ مِنۡهَا فَإِنَّكَ رَجِيمٞ ٣٤
وَإِنَّ عَلَيۡكَ ٱللَّعۡنَةَ إِلَىٰ يَوۡمِ ٱلدِّينِ ٣٥
قَالَ رَبِّ فَأَنظِرۡنِيٓ إِلَىٰ يَوۡمِ يُبۡعَثُونَ ٣٦
قَالَ فَإِنَّكَ مِنَ ٱلۡمُنظَرِينَ ٣٧
إِلَىٰ يَوۡمِ ٱلۡوَقۡتِ ٱلۡمَعۡلُومِ ٣٨
قَالَ رَبِّ بِمَآ أَغۡوَيۡتَنِي لَأُزَيِّنَنَّ لَهُمۡ فِي ٱلۡأَرۡضِ
وَلَأُغۡوِيَنَّهُمۡ أَجۡمَعِينَ ٣٩
إِلَّا عِبَادَكَ مِنۡهُمُ ٱلۡمُخۡلَصِينَ ٤٠
قَالَ هَٰذَا صِرَٰطٌ عَلَيَّ مُسۡتَقِيمٌ ٤١
إِنَّ عِبَادِي لَيۡسَ لَكَ عَلَيۡهِمۡ سُلۡطَٰنٌ إِلَّا مَنِ
ٱتَّبَعَكَ مِنَ ٱلۡغَاوِينَ ٤٢
وَإِنَّ جَهَنَّمَ لَمَوۡعِدُهُمۡ أَجۡمَعِينَ ٤٣
لَهَا سَبۡعَةُ أَبۡوَٰبٖ لِّكُلِّ بَابٖ مِّنۡهُمۡ جُزۡءٞ مَّقۡسُومٌ ٤٤

povon, krom super tiuj el la devojiĝitoj, kiuj sekvas vin".

44. Vere la infero estas por ili ĉiuj la loko destinita.

45. Ĝi havas sep pordojn kaj al ĉiu pordo estas asignita parto el ili.

46. Vere la justuloj estos meze inter ĝardenoj kaj fontoj.

47. "Eniru en ilin, pace, sekuraj".

48. Ni forprenos de ili ĉiun malamikecon el iliaj brustoj; ili estos kvazaŭ fratoj sidantaj sur altaj seĝoj, vidalvide.

49. Tie neniu laceco tuŝos ilin kaj de tie ili ne estos forpelitaj.

50. Anoncu al Miaj servantoj, ke Mi estas la Senkulpigema, la Pardonema,

51. kaj ke Mia puno estas la dolora puno,

52. kaj anoncu al ili pri la gastoj de Abraham

53. kiam ili eniris ĉe lin kaj diris: "Pacon! ", li respondis: "Mi timas vin".

54. Ili respondis: "Ne timu, ni vere portas la bonan novaĵon pri filo scioplena".

55. Li diris: "Ĉu vi portas al mi tiun bonan novaĵon, kvankam min jam atingis la maljuna aĝo? Kial vi do portas la bonan novaĵon? ".

56. Ili respondis: "Ni portas al vi la bonan novaĵon kun la vero; do ne estu el la malesperantoj".

57. Li diris: "Kiu do povus malesperi je la favoro de sia Sinjoro, krom la erarantoj? ".

58. Li diris: "Kia do estas via ofico, ho vi senditoj? ".

إِنَّ الْمُتَّقِينَ فِي جَنَّٰتٍ وَعُيُونٍ ٤٦
ادْخُلُوهَا بِسَلَٰمٍ ءَامِنِينَ ٤٧
وَنَزَعْنَا مَا فِي صُدُورِهِم مِّنْ غِلٍّ إِخْوَٰنًا عَلَىٰ
سُرُرٍ مُّتَقَٰبِلِينَ ٤٨
لَا يَمَسُّهُمْ فِيهَا نَصَبٌ وَمَا هُم مِّنْهَا بِمُخْرَجِينَ ٤٩
نَبِّئْ عِبَادِيٓ أَنِّيٓ أَنَا الْغَفُورُ الرَّحِيمُ ٥٠
وَأَنَّ عَذَابِي هُوَ الْعَذَابُ الْأَلِيمُ ٥١
وَنَبِّئْهُمْ عَن ضَيْفِ إِبْرَٰهِيمَ ٥٢
إِذْ دَخَلُوا عَلَيْهِ فَقَالُوا سَلَٰمًا قَالَ إِنَّا مِنكُمْ
وَجِلُونَ ٥٣
قَالُوا لَا تَوْجَلْ إِنَّا نُبَشِّرُكَ بِغُلَٰمٍ عَلِيمٍ ٥٤
قَالَ أَبَشَّرْتُمُونِي عَلَىٰٓ أَن مَّسَّنِيَ الْكِبَرُ فَبِمَ تُبَشِّرُونَ ٥٥
قَالُوا بَشَّرْنَٰكَ بِالْحَقِّ فَلَا تَكُن مِّنَ الْقَٰنِطِينَ ٥٦
قَالَ وَمَن يَقْنَطُ مِن رَّحْمَةِ رَبِّهِۦٓ إِلَّا الضَّآلُّونَ ٥٧
قَالَ فَمَا خَطْبُكُمْ أَيُّهَا الْمُرْسَلُونَ ٥٨
قَالُوٓا إِنَّآ أُرْسِلْنَآ إِلَىٰ قَوْمٍ مُّجْرِمِينَ ٥٩
إِلَّآ ءَالَ لُوطٍ إِنَّا لَمُنَجُّوهُمْ أَجْمَعِينَ ٦٠
إِلَّا امْرَأَتَهُۥ قَدَّرْنَآ إِنَّهَا لَمِنَ الْغَٰبِرِينَ ٦١ ع

59. Ili respondis: "Vere ni estas senditaj al popolo kulpa,

60. krom la gento de Lot. Vere ilin ĉiujn ni savos,

61. krom lian virinon. Ni opinias, ke ŝi vere estas inter la malfruantoj".

62. Kiam la senditoj venis al la popolo de Lot,

63. tiam li diris: "Vere vi estas fremduloj"

64. Ili respondis: "Ne! Ni venis al vi kun tio, pri kio ili dubis,

65. kaj ni venis al vi kun la vero kaj ni vere estas veramaj.

66. Do iru for kun via familio dum la mal frua parto de la nokto, kaj vi sekvu post iliaj dorsoj, kaj neniu el vi turnu sin, sed iru tien, kien estas ordonite al vi iri".

67. Ni anoncis al li tiun dekreton, ĉar ili estis neniigotaj ĝis la lasta en la sekvonta mateno

68. Venis la popolo de la urbo, ĝojante.

69. Li diris: "Vere ĉi tiuj estas miaj gastoj, do ne hontigu min,

70. kaj respektegu Allahon, kaj vi ne hontigu min".

71. Ili respondis: "Ĉu ni ne malpermesis al vi akcepti ĉiuspecan genton? ".

72. Li diris: "Jen miaj filinoj, se vi devas fari tion".

73. Per via vivo, vere ankaŭ ili vagadas en sia ebrieco

74. Do trafis ilin, je la sunleviĝo, la puno.

فَلَمَّا جَآءَ اٰلَ لُوْطِ ۣالْمُرْسَلُوْنَ ﴿٦٢﴾
قَالَ اِنَّكُمْ قَوْمٌ مُّنْكَرُوْنَ ﴿٦٣﴾
قَالُوْا بَلْ جِئْنٰكَ بِمَا كَانُوْا فِيْهِ يَمْتَرُوْنَ ﴿٦٤﴾
وَاَتَيْنٰكَ بِالْحَقِّ وَاِنَّا لَصٰدِقُوْنَ ﴿٦٥﴾
فَاَسْرِ بِاَهْلِكَ بِقِطْعٍ مِّنَ الَّيْلِ وَاتَّبِعْ اَدْبَارَهُمْ وَلَا يَلْتَفِتْ
مِنْكُمْ اَحَدٌ وَّامْضُوْا حَيْثُ تُؤْمَرُوْنَ ﴿٦٦﴾
وَقَضَيْنَآ اِلَيْهِ ذٰلِكَ الْاَمْرَ اَنَّ دَابِرَ هٰٓؤُلَآءِ مَقْطُوْعٌ
مُّصْبِحِيْنَ ﴿٦٧﴾
وَجَآءَ اَهْلُ الْمَدِيْنَةِ يَسْتَبْشِرُوْنَ ﴿٦٨﴾
قَالَ اِنَّ هٰٓؤُلَآءِ ضَيْفِيْ فَلَا تَفْضَحُوْنِ ﴿٦٩﴾
وَاتَّقُوا اللّٰهَ وَلَا تُخْزُوْنِ ﴿٧٠﴾
قَالُوْٓا اَوَلَمْ نَنْهَكَ عَنِ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٧١﴾
قَالَ هٰٓؤُلَآءِ بَنٰتِيْٓ اِنْ كُنْتُمْ فٰعِلِيْنَ ﴿٧٢﴾
لَعَمْرُكَ اِنَّهُمْ لَفِيْ سَكْرَتِهِمْ يَعْمَهُوْنَ ﴿٧٣﴾
فَاَخَذَتْهُمُ الصَّيْحَةُ مُشْرِقِيْنَ ﴿٧٤﴾

75. Tiam Ni renversis la supron malsupren kaj Ni pluvigis sur ilin brikojn.

76. Vere en tio estas signo por la prudentuloj.

77. Ĝi vere estis sur vojo, kiu ankoraŭ ekzistas.

78. Vere en tio estas signo por la kredantoj.

79. Certe ankaŭ la loĝantoj de la arbarego estis pekeguloj,

80. tial Ni punis ilin; ambaŭ estas sur ekkonebla vojo.

فَجَعَلْنَا عَالِيَهَا سَافِلَهَا وَأَمْطَرْنَا عَلَيْهِمْ حِجَارَةً
مِّن سِجِّيلٍ ﴿٧٥﴾
إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِّلْمُتَوَسِّمِينَ ﴿٧٦﴾
وَإِنَّهَا لَبِسَبِيلٍ مُّقِيمٍ ﴿٧٧﴾
إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَةً لِّلْمُؤْمِنِينَ ﴿٧٨﴾
وَإِن كَانَ أَصْحَابُ الْأَيْكَةِ لَظَالِمِينَ ﴿٧٩﴾
فَانتَقَمْنَا مِنْهُمْ وَإِنَّهُمَا لَبِإِمَامٍ مُّبِينٍ ﴿٨٠﴾

81. Ankaŭ la popolo de Hiĝr* rifuzis la senditojn,

82. kaj Ni donis al ili Niajn signojn, sed ili turnis sin for de ili,

83. kaj ili kutimis fosi por si mem en la monto loĝejojn por esti sekuraj,

84. tamen la puno trafis ilin matene,

85. kaj ĉio, kion ili amasigis, neniom utilis al ili.

86. Ni kreis la ĉielojn kaj la teron kaj tion, kio estas inter ambaŭ, nur vere kaj certe venos la Horo. Do pardonu per grandanima pardono.

87. Vere via Sinjoro estas la Kreinto, la Ĉioscia,

88. kaj Ni vere donis al vi la ofte redirotajn sep versojn** kaj la eminentan Koranon.

وَلَقَدْ كَذَّبَ أَصْحَابُ الْحِجْرِ الْمُرْسَلِينَ ﴿٨١﴾
وَآتَيْنَاهُمْ آيَاتِنَا فَكَانُوا عَنْهَا مُعْرِضِينَ ﴿٨٢﴾
وَكَانُوا يَنْحِتُونَ مِنَ الْجِبَالِ بُيُوتًا آمِنِينَ ﴿٨٣﴾
فَأَخَذَتْهُمُ الصَّيْحَةُ مُصْبِحِينَ ﴿٨٤﴾
فَمَا أَغْنَىٰ عَنْهُم مَّا كَانُوا يَكْسِبُونَ ﴿٨٥﴾
وَمَا خَلَقْنَا السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَا إِلَّا بِالْحَقِّ
وَإِنَّ السَّاعَةَ لَآتِيَةٌ فَاصْفَحِ الصَّفْحَ الْجَمِيلَ ﴿٨٦﴾
إِنَّ رَبَّكَ هُوَ الْخَلَّاقُ الْعَلِيمُ ﴿٨٧﴾
وَلَقَدْ آتَيْنَاكَ سَبْعًا مِّنَ الْمَثَانِي وَالْقُرْآنَ الْعَظِيمَ ﴿٨٨﴾
لَا تَمُدَّنَّ عَيْنَيْكَ إِلَىٰ مَا مَتَّعْنَا بِهِ أَزْوَاجًا مِّنْهُمْ وَ

* Valo inter Medino kaj Sirio, antikva loĝejo de la Tamudoj.

** La ĉapitron "Al-Fâteha" (unuan)

89. Ne turnu viajn okulojn al tio, kion Ni donis al iuj el ili kiel mallongan ĝuon, ne estu malĝoja pro ili; mallevu vian flugilon sur la kredantojn,

90. kaj diru: "Mi certe estas evidenta admonanto",

91. ĉar Ni sendis la punon sur la konspirantojn,

92. kiuj asertas, ke la Korano konsistas el memkontraŭdiraj pecoj kaj paroloj.

93. Tial, per via Sinjoro, Ni postulos de ili ĉiuj pravigon

94. pro tio, kion ili faris.

95. Do anoncu tion, kio estis ordonita al vi, kaj turnu vin for de la idolanoj.

96. Ni certe sufiĉos al vi kontraŭ la mokantoj,

97. kiuj aldonas al Allah alian Dion; baldaŭ ili tamen ekscios.

98. Vere Ni scias, ke via brusto estas premegita pro tio, kion ili diras,

99. vi tamen laŭdegu vian Sinjoron kaj estu unu el la terenkuŝiĝantoj,

100. kaj adoru vian Sinjoron, ĝis la morto atingos vin.

لَا تَحْزَنْ عَلَيْهِمْ وَاخْفِضْ جَنَاحَكَ لِلْمُؤْمِنِينَ ﴿٨٩﴾
وَقُلْ إِنِّيٓ أَنَا النَّذِيرُ الْمُبِينُ ﴿٩٠﴾
كَمَآ أَنْزَلْنَا عَلَى الْمُقْتَسِمِينَ ﴿٩١﴾
الَّذِينَ جَعَلُوا الْقُرْاٰنَ عِضِينَ ﴿٩٢﴾
فَوَرَبِّكَ لَنَسْـَٔلَنَّهُمْ أَجْمَعِينَ ﴿٩٣﴾
عَمَّا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٩٤﴾
فَاصْدَعْ بِمَا تُؤْمَرُ وَأَعْرِضْ عَنِ الْمُشْرِكِينَ ﴿٩٥﴾
إِنَّا كَفَيْنٰكَ الْمُسْتَهْزِءِينَ ﴿٩٦﴾
الَّذِينَ يَجْعَلُونَ مَعَ اللّٰهِ إِلٰهًا اٰخَرَ ۚ فَسَوْفَ
يَعْلَمُونَ ﴿٩٧﴾
وَلَقَدْ نَعْلَمُ أَنَّكَ يَضِيقُ صَدْرُكَ بِمَا يَقُولُونَ ﴿٩٨﴾
فَسَبِّحْ بِحَمْدِ رَبِّكَ وَكُنْ مِنَ السّٰجِدِينَ ﴿٩٩﴾
ع وَاعْبُدْ رَبَّكَ حَتّٰى يَأْتِيَكَ الْيَقِينُ ﴿١٠٠﴾

ركوعاتها سُورَةُ النَّحْلِ مَكِّيَّةٌ (١٦) آياتها

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. La ordono de Allah venas, do ne klopodu akceli ĝin. Li estas sankta kaj eminenta super ĉio, kion ili aldonas al Li kiel rivalon.

3. Li sendas ĉi-malsupren la anĝelojn kun Sia revelacio, per Sia ordono, al tiu, al kiu Li volas, el Siaj servantoj: "Admonu, ke ne ekzistas alia Dio ol Mi, do respektegu Min! "

4. Li kreis la ĉielojn kaj la teron kun la vero. Eminenta Li estas super ĉio, kion ili aldonas al Li kiel rivalon.

5. Li kreis la homon el spermero kaj jen! nun ĉi tiu fariĝis evidenta disputanto.

6. Li kreis la bestaron; apud ĝi vi havas varmon kaj utilon kaj el ĝi vi manĝas.

7. En ĝi estas beleco por vi, kiam vi ilin enirigasvespere kaj kiam vi ilin elirigas matene al la paŝtejo.

8. Ili portas viajn ŝarĝojn en landon, kiun vi ne povus atingi sen grava penado por vi mem. Vere via Sinjoro estas kompatema, pardonema.

9. Li kreis ĉevalojn kaj mulojn kaj azenojn, por ke vi rajdu sur ili, kaj kiel ornamaĵon, kaj Li kreos, kion vi ankoraŭ ne scias.

10. Ĉe Allah estas la montrilo de la vojo. Inter ili estas iuj, kiuj devojiĝas. Se Li volus, Li montrus al vi ĉiuj la vojon.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ①
أَتَىٰ أَمْرُ اللَّهِ فَلَا تَسْتَعْجِلُوهُ ۚ سُبْحَانَهُ وَتَعَالَىٰ عَمَّا
يُشْرِكُونَ ②
يُنَزِّلُ الْمَلَائِكَةَ بِالرُّوحِ مِنْ أَمْرِهِ عَلَىٰ مَنْ يَشَاءُ
مِنْ عِبَادِهِ أَنْ أَنْذِرُوا أَنَّهُ لَا إِلَٰهَ إِلَّا أَنَا فَاتَّقُونِ ③
خَلَقَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ بِالْحَقِّ ۚ تَعَالَىٰ عَمَّا
يُشْرِكُونَ ④
خَلَقَ الْإِنْسَانَ مِنْ نُطْفَةٍ فَإِذَا هُوَ خَصِيمٌ مُبِينٌ ⑤
وَالْأَنْعَامَ خَلَقَهَا ۗ لَكُمْ فِيهَا دِفْءٌ وَمَنَافِعُ وَمِنْهَا
تَأْكُلُونَ ⑥
وَلَكُمْ فِيهَا جَمَالٌ حِينَ تُرِيحُونَ وَحِينَ تَسْرَحُونَ ⑦
وَتَحْمِلُ أَثْقَالَكُمْ إِلَىٰ بَلَدٍ لَمْ تَكُونُوا بَالِغِيهِ إِلَّا بِشِقِّ
الْأَنْفُسِ ۚ إِنَّ رَبَّكُمْ لَرَءُوفٌ رَحِيمٌ ⑧
وَالْخَيْلَ وَالْبِغَالَ وَالْحَمِيرَ لِتَرْكَبُوهَا وَزِينَةً ۚ وَيَخْلُقُ
مَا لَا تَعْلَمُونَ ⑨
وَعَلَى اللَّهِ قَصْدُ السَّبِيلِ وَمِنْهَا جَائِرٌ ۚ وَلَوْ شَاءَ
لَهَدَاكُمْ أَجْمَعِينَ ⑩ ع
هُوَ الَّذِي أَنْزَلَ مِنَ السَّمَاءِ مَاءً ۖ لَكُمْ مِنْهُ شَرَابٌ
وَمِنْهُ شَجَرٌ فِيهِ تُسِيمُونَ ⑪

* v. la verson 69an

11. Estas Li Tiu, kiu sendas el la nuboj akvon. Vi estigas el ĝi trinkaĵon, kaj per ĝi kreskas arboj, el kiuj vi nutras la gregojn.

12. Per ĝi Li ĝermigas grenon por vi kaj ankaŭ la olivarbon kaj la daktilpalmon kaj la vinberarbon kaj la fruktojn ĉiuspecajn. Vere en tio estas signo por popolo pripensema.

13. Li servigas al vi la nokton kaj la tagon kaj la sunon kaj la lunon, kaj la steloj estas servemaj pro Lia ordono. Vere en tio estas signo por popolo komprenema.

14. Tio, kion Li kreis por vi sur la tero, estas diversa laŭ la koloro. Vere en tio estas signo por popolo memorema.

15. Estas Li Tiu, kiu servigis al vi la maron, por ke vi manĝu el ĝi freŝan karnon, kaj por ke vi estigu el ĝi ornamaĵojn, kiujn vi portas — vi vidas la ŝipojn sulki ĝin — kaj por ke vi serĉu Lian gracon kaj por ke vi estu dankaj.

16. Li starigis montojn senmovajn sur la tero, por ke ĝi ne skuiĝu kun vi, kaj riverojn kaj vojojn, por ke vi estu gvidataj,

17. kaj montrilojn de la vojo; per ili kaj per la steloj ili estas gvidataj.

18. Ĉu Tiu, kiu kreas, estas egala al tiu, kiu ne kreas? Ĉu vi ne volas memori?

19. Se vi volus nombri la favorojn de Allah, vi ne povus atingi ilin ĉiujn. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

20. Allah scias, kion vi kaŝas kaj kion vi malkaŝas.

21. Tiuj, kiujn ili vokas apud Allah, nenion kapablas krei, ĉar ili estas mem kreitaj.

22. Ili estas mortintaj, ne vivantaj, kaj ili ne scias, kiam ili estos vekitaj.

يُنْبِتُ لَكُمْ بِهِ الزَّرْعَ وَالزَّيْتُوْنَ وَالنَّخِيْلَ وَالْأَعْنَابَ
وَمِنْ كُلِّ الثَّمَرٰتِ ۭ اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيَةً لِّقَوْمٍ
يَّتَفَكَّرُوْنَ ﴿١١﴾
وَسَخَّرَ لَكُمُ الَّيْلَ وَالنَّهَارَ ۙ وَالشَّمْسَ وَالْقَمَرَ ۭ
وَالنُّجُوْمُ مُسَخَّرٰتٌۢ بِاَمْرِهٖ ۭ اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيٰتٍ
لِّقَوْمٍ يَّعْقِلُوْنَ ﴿١٢﴾
وَمَا ذَرَاَ لَكُمْ فِي الْاَرْضِ مُخْتَلِفًا اَلْوَانُهٗ ۭ اِنَّ
فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيَةً لِّقَوْمٍ يَّذَّكَّرُوْنَ ﴿١٣﴾
وَهُوَ الَّذِيْ سَخَّرَ الْبَحْرَ لِتَاْكُلُوْا مِنْهُ لَحْمًا طَرِيًّا
وَّتَسْتَخْرِجُوْا مِنْهُ حِلْيَةً تَلْبَسُوْنَهَا ۚ وَتَرَى
الْفُلْكَ مَوَاخِرَ فِيْهِ وَلِتَبْتَغُوْا مِنْ فَضْلِهٖ وَلَعَلَّكُمْ
تَشْكُرُوْنَ ﴿١٤﴾
وَاَلْقٰى فِي الْاَرْضِ رَوَاسِيَ اَنْ تَمِيْدَ بِكُمْ وَاَنْهٰرًا
وَّسُبُلًا لَّعَلَّكُمْ تَهْتَدُوْنَ ﴿١٥﴾
وَعَلٰمٰتٍ ۭ وَبِالنَّجْمِ هُمْ يَهْتَدُوْنَ ﴿١٦﴾
اَفَمَنْ يَّخْلُقُ كَمَنْ لَّا يَخْلُقُ ۭ اَفَلَا تَذَكَّرُوْنَ ﴿١٧﴾
وَاِنْ تَعُدُّوْا نِعْمَةَ اللّٰهِ لَا تُحْصُوْهَا ۭ اِنَّ اللّٰهَ
لَغَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿١٨﴾
وَاللّٰهُ يَعْلَمُ مَا تُسِرُّوْنَ وَمَا تُعْلِنُوْنَ ﴿١٩﴾
وَالَّذِيْنَ يَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ لَا يَخْلُقُوْنَ شَيْـًٔا
وَّهُمْ يُخْلَقُوْنَ ﴿٢٠﴾
اَمْوَاتٌ غَيْرُ اَحْيَاۗءٍ ۚ وَمَا يَشْعُرُوْنَ ۙ اَيَّانَ يُبْعَثُوْنَ ﴿٢١﴾ ع

23. Via Dio estas Dio ununura. Kiuj ne kredas al la vivo venonta, ties koroj ignoras la veron, kaj ili estas fieregaj.

إِلَٰهُكُمْ إِلَٰهٌ وَاحِدٌ ۚ فَالَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ بِالْآخِرَةِ
قُلُوبُهُم مُّنكِرَةٌ وَهُم مُّسْتَكْبِرُونَ ﴿٢٣﴾

24. Ne estas dube, ke Allah scias, kion ili kaŝas kaj kion ili malkaŝas. Vere Li ne amas la fieregulojn.

لَا جَرَمَ أَنَّ اللَّهَ يَعْلَمُ مَا يُسِرُّونَ وَمَا يُعْلِنُونَ ۚ
إِنَّهُ لَا يُحِبُّ الْمُسْتَكْبِرِينَ ﴿٢٤﴾

25. Kiam estas dirite al ili: "Kion sendis via Sinjoro? ", ili diras: "Fabelojn de la antikva tempo".

وَإِذَا قِيلَ لَهُم مَّاذَا أَنزَلَ رَبُّكُمْ ۙ قَالُوا أَسَاطِيرُ
الْأَوَّلِينَ ﴿٢٥﴾

26. Ili portu en la tago de la reviviĝo siajn tutajn ŝarĝojn kaj porcion de la ŝarĝoj de tiuj, kiujn ili devojigis senscie. Rigardu! Malbonega estas tio, kion ili portas!

لِيَحْمِلُوا أَوْزَارَهُمْ كَامِلَةً يَوْمَ الْقِيَامَةِ ۙ وَمِنْ أَوْزَارِ
الَّذِينَ يُضِلُّونَهُم بِغَيْرِ عِلْمٍ ۗ أَلَا سَاءَ مَا يَزِرُونَ ﴿٢٦﴾ ع

27. Ankaŭ tiuj, kiuj estis antaŭ ili, elpensis intrigojn, sed Allah kaptis ilian konstruaĵon je la fundamento, tiel ke la tegmento falis sur ilin el supre, kaj sur ilin venis la puno, el kie ili ne sciis.

قَدْ مَكَرَ الَّذِينَ مِن قَبْلِهِمْ فَأَتَى اللَّهُ بُنْيَانَهُم مِّنَ
الْقَوَاعِدِ فَخَرَّ عَلَيْهِمُ السَّقْفُ مِن فَوْقِهِمْ وَأَتَاهُمُ
الْعَذَابُ مِنْ حَيْثُ لَا يَشْعُرُونَ ﴿٢٧﴾

28. Poste, en la tago de la reviviĝo, Li hontigos ilin kaj diros: "Kie estas Miaj rivaloj, pri kiuj vi kutimis disputi? ". La prudentuloj diros: "En tiu tago estos por la miskredantoj honto kaj malfeliĉo".

ثُمَّ يَوْمَ الْقِيَامَةِ يُخْزِيهِمْ وَيَقُولُ أَيْنَ شُرَكَائِيَ
الَّذِينَ كُنتُمْ تُشَاقُّونَ فِيهِمْ ۚ قَالَ الَّذِينَ أُوتُوا
الْعِلْمَ إِنَّ الْخِزْيَ الْيَوْمَ وَالسُّوءَ عَلَى الْكَافِرِينَ ﴿٢٨﴾

29. Por tiuj, kiujn la anĝeloj igas morti, dum ili pekas kontraŭ si mem, kaj poste ili proponas submetiĝon: "Ni ne kutimis fari ion malbonan". Ne! Vere Allah bone scias, kion vi faris.

الَّذِينَ تَتَوَفَّاهُمُ الْمَلَائِكَةُ ظَالِمِي أَنفُسِهِمْ ۖ فَأَلْقَوُا
السَّلَمَ مَا كُنَّا نَعْمَلُ مِن سُوءٍ ۚ بَلَىٰ إِنَّ اللَّهَ عَلِيمٌ
بِمَا كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ﴿٢٩﴾

30. Eniru la pordojn de l' infero por resti tie por ĉiam. Malbonega estas certe la loĝejo de la fieregulo j.

فَادْخُلُوا أَبْوَابَ جَهَنَّمَ خَالِدِينَ فِيهَا ۖ فَلَبِئْسَ مَثْوَى
الْمُتَكَبِّرِينَ ﴿٣٠﴾

31. Al la justuloj estas dirite: "Kion sendis via Sinjoro? ". Ili diras: "Bonegon". Por tiuj, kiuj bonfaras, estos bono en ĉi tiu vivo, kaj la Restadejo en la vivo venonta estos eĉ pli bona. Vere bonega estas la Restadejo de la justuloj.

وَقِيلَ لِلَّذِينَ اتَّقَوْا مَاذَا أَنزَلَ رَبُّكُمْ ۚ قَالُوا خَيْرًا ۗ
لِّلَّذِينَ أَحْسَنُوا فِي هَٰذِهِ الدُّنْيَا حَسَنَةٌ ۚ وَلَدَارُ
الْآخِرَةِ خَيْرٌ ۚ وَلَنِعْمَ دَارُ الْمُتَّقِينَ ﴿٣١﴾

32. Ĝardenoj de la eterneco, kiujn ili eniros, sub kiuj fluas riveroj. Tie ili havos ĉion, kion ili deziras. Tiel Allah rekompencas la justulojn,

33. kiujn la anĝeloj igas morti en pureco. Ili diras: "La paco estu kun vi! Eniru en la Paradizon pro tio, kion vi faris".

34. Kion ili atendas, se ne, ke venos al ili la anĝeloj, aŭ ke venos la ordono de via Sinjoro? Tiel jam agis tiuj, kiuj estis antaŭ ili. Allah ne estis maljusta kontraŭ ili, sed ili estis maljustaj kontraŭ si mem.

35. Tiel atingis ilin la malbonega sekvo de iliaj agoj, kaj tio, kion ili kutimis moki, ĉirkaŭis ilin de ĉiuj flankoj.

36. Diras la idolanoj: "Se Allah estus volinta, ni ne adorus ion alian ol Lin, nek ni nek niaj patroj, kaj ni ne malpermesus ion ajn sen Lia ordono". Tiel agis jam tiuj, kiuj estis antaŭ ili. Ĉu do la senditoj devas responsi pri io ajn, krom pri la evidenta senditaĵo?

37. Ni vere vekis ĉe ĉiu popolo senditon: "Adoru Allahon kaj evitu la malbonon". Inter ili estis iuj, kiujn Allah gvidis, kaj estis inter ili iuj, kontraŭ kiuj estis decidite, ke ili restos en la erarado. Do vojaĝu sur la tero kaj rigardu, kiel estis la fino de la negintoj!

38. Se vi deziregas por ili la gvidadon, sciu: Allah ne gvidas tiujn, kiuj devojigis aliajn, kaj por ili ne ekzistas helpantoj.

39. Ili ĵuras per Allah siajn plej solenajn ĵurojn, asertante, ke Allah ne revivigos tiujn, kiuj mortis. Jen! Lia promeso estas deviga por Li, sed la plej multaj el la homoj ne scias tion.

40. Li revivigos ilin por klarigi al ili tion, pri kio ili disputis, kaj por ke la miskredantoj sciu, ke ili estas mensoguloj.

جَنّٰتُ عَدْنٍ يَّدْخُلُوْنَهَا تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ
لَهُمْ فِيْهَا مَا يَشَآءُوْنَ كَذٰلِكَ يَجْزِي اللّٰهُ
الْمُتَّقِيْنَ ﴿٣٢﴾
الَّذِيْنَ تَتَوَفّٰىهُمُ الْمَلٰٓئِكَةُ طَيِّبِيْنَ يَقُوْلُوْنَ سَلٰمٌ
عَلَيْكُمُ ادْخُلُوا الْجَنَّةَ بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿٣٣﴾
هَلْ يَنْظُرُوْنَ اِلَّآ اَنْ تَاْتِيَهُمُ الْمَلٰٓئِكَةُ اَوْ يَاْتِيَ
اَمْرُ رَبِّكَ كَذٰلِكَ فَعَلَ الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ وَمَا ظَلَمَهُمُ
اللّٰهُ وَلٰكِنْ كَانُوْٓا اَنْفُسَهُمْ يَظْلِمُوْنَ ﴿٣٤﴾
فَاَصَابَهُمْ سَيِّاٰتُ مَا عَمِلُوْا وَحَاقَ بِهِمْ مَّا كَانُوْا
بِهٖ يَسْتَهْزِءُوْنَ ﴿٣٥﴾ ع
وَقَالَ الَّذِيْنَ اَشْرَكُوْا لَوْ شَآءَ اللّٰهُ مَا عَبَدْنَا مِنْ
دُوْنِهٖ مِنْ شَيْءٍ نَّحْنُ وَلَآ اٰبَآؤُنَا وَلَا حَرَّمْنَا مِنْ
دُوْنِهٖ مِنْ شَيْءٍ كَذٰلِكَ فَعَلَ الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ
فَهَلْ عَلَى الرُّسُلِ اِلَّا الْبَلٰغُ الْمُبِيْنُ ﴿٣٦﴾
وَلَقَدْ بَعَثْنَا فِيْ كُلِّ اُمَّةٍ رَّسُوْلًا اَنِ اعْبُدُوا اللّٰهَ
وَاجْتَنِبُوا الطَّاغُوْتَ فَمِنْهُمْ مَّنْ هَدَى اللّٰهُ
وَمِنْهُمْ مَّنْ حَقَّتْ عَلَيْهِ الضَّلٰلَةُ فَسِيْرُوْا فِي الْاَرْضِ
فَانْظُرُوْا كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ الْمُكَذِّبِيْنَ ﴿٣٧﴾
اِنْ تَحْرِصْ عَلٰى هُدٰىهُمْ فَاِنَّ اللّٰهَ لَا يَهْدِيْ مَنْ
يُّضِلُّ وَمَا لَهُمْ مِّنْ نّٰصِرِيْنَ ﴿٣٨﴾
وَاَقْسَمُوْا بِاللّٰهِ جَهْدَ اَيْمَانِهِمْ لَا يَبْعَثُ اللّٰهُ مَنْ
يَّمُوْتُ بَلٰى وَعْدًا عَلَيْهِ حَقًّا وَّلٰكِنَّ اَكْثَرَ النَّاسِ

41. Vere Nia vorto al iu aĵo, kiun Ni volas estigi, estas nur, ke Ni diras: "Estu! " kaj ĝi estas.

42. Al tiuj, kiuj elmigris pro amo al Allah, post kiam ili suferis maljustecon, Ni havigos belegan loĝejon en ĉi tiu vivo. Certe la rekompenco en la vivo venonta estos grandega. Ho, se ili nur scius!

43. La persistemuloj, kiuj konfidas je sia Sinjoro!

44. Antaŭ vi Ni sendis nur virojn, al kiuj Ni donis la revelacion – demandu do tiujn, kiuj posedas la admonon, se vi mem ne scias –

45. kun evidentaj signoj kaj Skriboj, kaj Ni sendis al vi la Admonon, por ke vi anoncu al la homoj tion, kio estis sendita al ili, por ke ili pripensu.

46. Ĉu estas certaj tiuj, kiuj projektas la malbonon, ke Allah ne igos ilin enfali en la teron, aŭ ke la puno ne venos sur ilin de ĉiuj flankoj, de kie ili ne scias?

47. Aŭ ke Li ne kaptos ilin en ilia dubo, tiel ke ili ne kapablos venki?

48. Aŭ ke Li ne trafos ilin per malrapida neniigo? Vere via Sinjoro estas kompatema, pardonema.

49. Ĉu ili ne vidis la aĵojn, kiujn Allah kreis, kaj kies ombroj turniĝas de dekstre kaj maldekstre kaj terenkuŝiĝas antaŭ Allah, dum ili estas humiligitaj?

50. Terenkuŝiĝas ĉiuj kreitaĵoj, kiuj troviĝas en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj same la anĝeloj, kaj ili ne fariĝas fieregaj.

51. Ili respektegas sian Sinjoron, kiu estas super ili, kaj ili faras tion, kio estas ordonita al ili.

---

لَا يَعْلَمُونَ ﴿٣٩﴾
لِيُبَيِّنَ لَهُمُ الَّذِي يَخْتَلِفُونَ فِيهِ وَلِيَعْلَمَ الَّذِينَ
كَفَرُوا أَنَّهُمْ كَانُوا كَاذِبِينَ ﴿٤٠﴾
إِنَّمَا قَوْلُنَا لِشَيْءٍ إِذَا أَرَدْنَاهُ أَنْ نَقُولَ لَهُ كُنْ
ع فَيَكُونُ ﴿٤١﴾
وَالَّذِينَ هَاجَرُوا فِي اللَّهِ مِنْ بَعْدِ مَا ظُلِمُوا لَنُبَوِّئَنَّهُمْ
فِي الدُّنْيَا حَسَنَةً وَلَأَجْرُ الْآخِرَةِ أَكْبَرُ لَوْ كَانُوا
يَعْلَمُونَ ﴿٤٢﴾
الَّذِينَ صَبَرُوا وَعَلَى رَبِّهِمْ يَتَوَكَّلُونَ ﴿٤٣﴾
وَمَا أَرْسَلْنَا مِنْ قَبْلِكَ إِلَّا رِجَالًا نُوحِي إِلَيْهِمْ فَاسْأَلُوا
أَهْلَ الذِّكْرِ إِنْ كُنْتُمْ لَا تَعْلَمُونَ ﴿٤٤﴾
بِالْبَيِّنَاتِ وَالزُّبُرِ وَأَنْزَلْنَا إِلَيْكَ الذِّكْرَ لِتُبَيِّنَ
لِلنَّاسِ مَا نُزِّلَ إِلَيْهِمْ وَلَعَلَّهُمْ يَتَفَكَّرُونَ ﴿٤٥﴾
أَفَأَمِنَ الَّذِينَ مَكَرُوا السَّيِّئَاتِ أَنْ يَخْسِفَ اللَّهُ بِهِمُ
الْأَرْضَ أَوْ يَأْتِيَهُمُ الْعَذَابُ مِنْ حَيْثُ لَا يَشْعُرُونَ ﴿٤٦﴾
أَوْ يَأْخُذَهُمْ فِي تَقَلُّبِهِمْ فَمَا هُمْ بِمُعْجِزِينَ ﴿٤٧﴾
أَوْ يَأْخُذَهُمْ عَلَى تَخَوُّفٍ فَإِنَّ رَبَّكُمْ لَرَءُوفٌ رَحِيمٌ ﴿٤٨﴾
أَوَلَمْ يَرَوْا إِلَى مَا خَلَقَ اللَّهُ مِنْ شَيْءٍ يَتَفَيَّأُ ظِلَالُهُ
عَنِ الْيَمِينِ وَالشَّمَائِلِ سُجَّدًا لِلَّهِ وَهُمْ دَاخِرُونَ ﴿٤٩﴾
وَلِلَّهِ يَسْجُدُ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ مِنْ
دَابَّةٍ وَالْمَلَائِكَةُ وَهُمْ لَا يَسْتَكْبِرُونَ ﴿٥٠﴾
يَخَافُونَ رَبَّهُمْ مِنْ فَوْقِهِمْ وَيَفْعَلُونَ مَا

52. Diris Allah: "Ne prenu al vi du Diojn. Vere Li estas la Dio ununura. Do respektegu nur Min"*.

53. Al Li apartenas, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj al Li apartenas obeo ĉiama. Ĉu vi do volas respektegi iun alian ol Allahon?

54. Ĉio bona, kion vi havas, venas de Allah; poste, kiam iu malfeliĉo trafas vin, petegu helpon de Li.

55. Kiam Li poste forprenas la malfeliĉon de vi, jen, iuj el vi komencas aldoni rivalojn al sia Sinjoro.

56. Tiel ili negas tion, kion Ni donis al vi. Bone, ĝuu tion por iom da tempo, sed baldaŭ vi ekscios.

57. Kaj por tiuj, pri kiuj ili nenion scias, ili rezervas el tio, kion Ni donis al ili. Per Allah! Vi certe devos responsi pri tio, kion vi elpensis!

58. Ili atribuas al Allah filinojn** – sankta Li estas! – kaj al si mem, kion ili deziras (filojn).

59. Kiam estas anoncita al iu el ili la naskiĝo de filino, lia vizaĝo malgajiĝas kaj li subpremas sian internan koleron.

60. Li kaŝas sin de la popolo pro tiu malbona novaĵo, kiun li ricevis. Ĉu li tenu ŝin malgraŭ la honto, aŭ ĉu li enfosu ŝin en la sablon? Certe malbonege estas, kiel ili juĝas!

يُؤْمَرُونَ ۩ ﴿٥١﴾
وَقَالَ اللَّهُ لَا تَتَّخِذُوا إِلَٰهَيْنِ اثْنَيْنِ ۖ إِنَّمَا هُوَ إِلَٰهٌ
وَاحِدٌ ۖ فَإِيَّايَ فَارْهَبُونِ ﴿٥٢﴾
وَلَهُ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَلَهُ الدِّينُ وَاصِبًا ۚ
أَفَغَيْرَ اللَّهِ تَتَّقُونَ ﴿٥٣﴾
وَمَا بِكُم مِّن نِّعْمَةٍ فَمِنَ اللَّهِ ۖ ثُمَّ إِذَا مَسَّكُمُ الضُّرُّ
فَإِلَيْهِ تَجْأَرُونَ ﴿٥٤﴾
ثُمَّ إِذَا كَشَفَ الضُّرَّ عَنكُمْ إِذَا فَرِيقٌ مِّنكُم بِرَبِّهِمْ
يُشْرِكُونَ ﴿٥٥﴾
لِيَكْفُرُوا بِمَا آتَيْنَاهُمْ ۚ فَتَمَتَّعُوا ۖ فَسَوْفَ تَعْلَمُونَ ﴿٥٦﴾
وَيَجْعَلُونَ لِمَا لَا يَعْلَمُونَ نَصِيبًا مِّمَّا رَزَقْنَاهُمْ ۗ
تَاللَّهِ لَتُسْأَلُنَّ عَمَّا كُنتُمْ تَفْتَرُونَ ﴿٥٧﴾
وَيَجْعَلُونَ لِلَّهِ الْبَنَاتِ سُبْحَانَهُ ۙ وَلَهُم مَّا يَشْتَهُونَ ﴿٥٨﴾
وَإِذَا بُشِّرَ أَحَدُهُم بِالْأُنثَىٰ ظَلَّ وَجْهُهُ مُسْوَدًّا
وَهُوَ كَظِيمٌ ﴿٥٩﴾
يَتَوَارَىٰ مِنَ الْقَوْمِ مِن سُوءِ مَا بُشِّرَ بِهِ ۚ أَيُمْسِكُهُ
عَلَىٰ هُونٍ أَمْ يَدُسُّهُ فِي التُّرَابِ ۗ أَلَا سَاءَ مَا
يَحْكُمُونَ ﴿٦٠﴾
لِلَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ بِالْآخِرَةِ مَثَلُ السَّوْءِ ۖ وَلِلَّهِ
الْمَثَلُ الْأَعْلَىٰ ۚ وَهُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿٦١﴾
وَلَوْ يُؤَاخِذُ اللَّهُ النَّاسَ بِظُلْمِهِم مَّا تَرَكَ عَلَيْهَا
مِن دَابَّةٍ وَلَٰكِن يُؤَخِّرُهُمْ إِلَىٰ أَجَلٍ مُّسَمًّى ۖ فَإِذَا

* Kiel ofte, la abrupta ŝanĝo de persono estas ĉi tie precipe malfacila por kompreni en laŭlitera traduko. Interpretu do la antaŭlastan frazon: "Vere ekzistas nur unu Dio".

** La araboj nomis la anĝelojn "filinoj de Dio" kaj rigardis naskiĝon de filinoj kiel malfeliĉon.

61. Tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta, estas en malbonega situacio, sed la esenco de Allah estas eminenta. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

62. Se Allah volus puni la homojn pro ilia malbonfaro, Li ne lasus sur la tero estaĵon vivantan. Li tamen konsentas al ili prokraston ĝis fiksita tempo; kiam do ilia tempo venas, ili ne povas malfrui eĉ unu horon, nek ili povas akceli ĝin.

63. Ili atribuas al Allah tion, kion ili mem malŝatas, kaj iliaj langoj eldiras la mensogon, ke por ili estas destinita io bonega. Ne estas dube, ke por ili estos la fajro, kaj en ĝi ili estos lasitaj.

64. Per Allah! Vere Ni sendis senditojn al la popoloj antaŭ vi, sed Satano igis iliajn verkojn ŝajni bonaj al ili. Tial li estas ilia protektanto hodiaŭ kaj por ili estos dolora puno.

65. Ni sendis al vi la Libron nur, por ke vi klarigu al ili tion, pri kio ili malkonsentis, kaj kiel gvidilon kaj kompaton por popolo kredanta.

66. Allah sendis el la nuboj akvon kaj revivigis per ĝi la teron, post kiam ĝi estis mortinta. Vere en tio estas signo por popolo aŭdanta.

67. Vere ankaŭ la brutaro estas por vi instruilo. Ni donas al vi por trinki tion, kio estas en iliaj ventroj inter koto kaj sango, lakton puran kaj agrablan por la trinkantoj,

68. kaj la fruktojn de la daktilpalmoj kaj de la vinberarboj, el kiuj vi akiras ebriigan trinkaĵon kaj bonan nutraĵon. Vere en tio estas signo por popolo prudenta.

69. Via Sinjoro sugestis al la abelo: "Konstruu por vi domojn sur la montoj kaj sur

جَآءَ أَجَلُهُمْ لَا يَسْتَأْخِرُونَ سَاعَةً وَلَا يَسْتَقْدِمُونَ ﴿٦٢﴾
وَيَجْعَلُونَ لِلَّهِ مَا يَكْرَهُونَ وَتَصِفُ أَلْسِنَتُهُمُ الْكَذِبَ
أَنَّ لَهُمُ الْحُسْنَىٰ لَا جَرَمَ أَنَّ لَهُمُ النَّارَ وَأَنَّهُم
مُّفْرَطُونَ ﴿٦٣﴾
تَاللَّهِ لَقَدْ أَرْسَلْنَا إِلَىٰ أُمَمٍ مِّن قَبْلِكَ فَزَيَّنَ لَهُمُ
الشَّيْطَانُ أَعْمَالَهُمْ فَهُوَ وَلِيُّهُمُ الْيَوْمَ وَلَهُمْ عَذَابٌ
أَلِيمٌ ﴿٦٤﴾
وَمَا أَنزَلْنَا عَلَيْكَ الْكِتَابَ إِلَّا لِتُبَيِّنَ لَهُمُ الَّذِي اخْتَلَفُوا
فِيهِ وَهُدًى وَرَحْمَةً لِّقَوْمٍ يُؤْمِنُونَ ﴿٦٥﴾
وَاللَّهُ أَنزَلَ مِنَ السَّمَاءِ مَاءً فَأَحْيَا بِهِ الْأَرْضَ بَعْدَ
ع مَوْتِهَا إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَةً لِّقَوْمٍ يَسْمَعُونَ ﴿٦٦﴾
وَإِنَّ لَكُمْ فِي الْأَنْعَامِ لَعِبْرَةً نُّسْقِيكُم مِّمَّا فِي بُطُونِهِ
مِن بَيْنِ فَرْثٍ وَدَمٍ لَّبَنًا خَالِصًا سَائِغًا لِّلشَّارِبِينَ ﴿٦٧﴾
وَمِن ثَمَرَاتِ النَّخِيلِ وَالْأَعْنَابِ تَتَّخِذُونَ مِنْهُ
سَكَرًا وَرِزْقًا حَسَنًا إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَةً لِّقَوْمٍ يَعْقِلُونَ ﴿٦٨﴾
وَأَوْحَىٰ رَبُّكَ إِلَى النَّحْلِ أَنِ اتَّخِذِي مِنَ الْجِبَالِ بُيُوتًا
وَمِنَ الشَّجَرِ وَمِمَّا يَعْرِشُونَ ﴿٦٩﴾
ثُمَّ كُلِي مِن كُلِّ الثَّمَرَاتِ فَاسْلُكِي سُبُلَ رَبِّكِ ذُلُلًا
يَخْرُجُ مِن بُطُونِهَا شَرَابٌ مُّخْتَلِفٌ أَلْوَانُهُ فِيهِ شِفَاءٌ
لِّلنَّاسِ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَةً لِّقَوْمٍ يَتَفَكَّرُونَ ﴿٧٠﴾
وَاللَّهُ خَلَقَكُمْ ثُمَّ يَتَوَفَّاكُمْ وَمِنكُم مَّن يُرَدُّ إِلَىٰ
أَرْذَلِ الْعُمُرِ لِكَيْ لَا يَعْلَمَ بَعْدَ عِلْمٍ شَيْئًا إِنَّ اللَّهَ عَلِيمٌ

la arboj kaj en la murzonoj, kiujn la homoj konstruas,

70. poste manĝu el ĉiuj fruktoj kaj sekvu la vojon de via Sinjoro, kiu estis faciligita por vi". El iliaj ventroj eliras trinkaĵo, diversa je koloro. En ĝi estas resanigilo por la homoj. Vere en tio estas signo por popolo pripensema.

71. Allah kreis vin, poste Li igas vin morti, kaj inter vi estas iuj, kiuj atingas kadukan agon, tiel ke ili poste nenion plu scias, kion ili sciis. Vere Allah estas ĉioscia, ĉiopova.

72. Allah favoris iujn el vi antaŭ aliaj per donacoj, tamen tiuj, kiuj estis favorataj, ne volas doni ion el siaj donacoj al la sklavoj posedataj de ilia dekstra mano, por ke ili egale partoprenu je tio. Ĉu ili volas negi la gracon de Allah?

73. Allah estigis por vi edzinojn el via mezo, kaj estigis el viaj edzinoj filojn kaj nepojn, kaj Li provizis vin per bonaj aĵoj. Ĉu ili volas kredi al la falso kaj rifuzi la favoron de Allah?

74. Malgraŭ tio ili adoras apud Allah tion, kio ne havas la povon por doni al ili provizaĵojn el la ĉieloj aŭ el la tero, nek iam atingos tiun povon.

75. Do ne komparu kun Allah ion ajn. Vere Allah scias, sed vi ne scias.

76. Allah prezentas la similaĵon pri sklavo posedata, kiu ne posedas povon super io ajn, kaj alia homo, kiun Ni provizis; el tio, kion li ricevis abunde, li disdonas kaŝe kaj malkaŝe: ĉu ili estas egalaj? Estu laŭdegata Allah! Jen! la plej multaj el ili ne scias tion.

77. Allah ankaŭ prezentas la similaĵon pri du viroj: unu el ili estas surda kaj ne havas povon super io ajn, kaj li estas balasto por

قَدِيرٌ ﴿٧١﴾
وَاللّٰهُ فَضَّلَ بَعْضَكُمْ عَلٰى بَعْضٍ فِي الرِّزْقِ ۚ فَمَا
الَّذِيْنَ فُضِّلُوْا بِرَآدِّيْ رِزْقِهِمْ عَلٰى مَا مَلَكَتْ اَيْمَانُهُمْ
فَهُمْ فِيْهِ سَوَآءٌ ۚ اَفَبِنِعْمَةِ اللّٰهِ يَجْحَدُوْنَ ﴿٧٢﴾
وَاللّٰهُ جَعَلَ لَكُمْ مِّنْ اَنْفُسِكُمْ اَزْوَاجًا وَّجَعَلَ لَكُمْ
مِّنْ اَزْوَاجِكُمْ بَنِيْنَ وَحَفَدَةً وَّرَزَقَكُمْ مِّنَ الطَّيِّبٰتِ ۚ
اَفَبِالْبَاطِلِ يُؤْمِنُوْنَ وَبِنِعْمَتِ اللّٰهِ هُمْ يَكْفُرُوْنَ ﴿٧٣﴾
وَيَعْبُدُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ مَا لَا يَمْلِكُ لَهُمْ رِزْقًا
مِّنَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ شَيْئًا وَّلَا يَسْتَطِيْعُوْنَ ﴿٧٤﴾
فَلَا تَضْرِبُوْا لِلّٰهِ الْاَمْثَالَ ۚ اِنَّ اللّٰهَ يَعْلَمُ وَاَنْتُمْ لَا
تَعْلَمُوْنَ ﴿٧٥﴾
ضَرَبَ اللّٰهُ مَثَلًا عَبْدًا مَّمْلُوْكًا لَّا يَقْدِرُ عَلٰى شَيْءٍ
وَّمَنْ رَّزَقْنٰهُ مِنَّا رِزْقًا حَسَنًا فَهُوَ يُنْفِقُ مِنْهُ سِرًّا
وَّجَهْرًا ۚ هَلْ يَسْتَوٗنَ ۚ اَلْحَمْدُ لِلّٰهِ ۚ بَلْ اَكْثَرُهُمْ لَا
يَعْلَمُوْنَ ﴿٧٦﴾
وَضَرَبَ اللّٰهُ مَثَلًا رَّجُلَيْنِ اَحَدُهُمَآ اَبْكَمُ لَا يَقْدِرُ
عَلٰى شَيْءٍ وَّهُوَ كَلٌّ عَلٰى مَوْلٰىهُ ۙ اَيْنَمَا يُوَجِّهْهُّ لَا يَاْتِ
بِخَيْرٍ ۚ هَلْ يَسْتَوِيْ هُوَ ۙ وَمَنْ يَّاْمُرُ بِالْعَدْلِ ۙ وَهُوَ
عَلٰى صِرَاطٍ مُّسْتَقِيْمٍ ﴿٧٧﴾
وَلِلّٰهِ غَيْبُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۚ وَمَآ اَمْرُ السَّاعَةِ
اِلَّا كَلَمْحِ الْبَصَرِ اَوْ هُوَ اَقْرَبُ ۚ اِنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيْرٌ ﴿٧٨﴾

sia mastro. Kien ajn tiu sendas lin, li nenion bonan alportas. Ĉu tiu ĉi povas esti egala al tiu kiu ordonas la justecon kaj estas mem sur la rekta vojo?

78. Al Allah apartenas la Nevideblaĵoj en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj la afero de la Horo estas nur malmulte fora – ne, ĝi estas eĉ pli proksima. Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

79. Allah elirigis vin el la uteroj de viaj patrinoj, kaj vi nenion sciis, kaj Li donis al vi la aŭdadon kaj la vidadon kaj la korojn, por ke vi estu dankaj.

80. Ĉu ili ne vidas la birdojn, kiuj devas servi en la ĉiela spaco? Nur Allah subtenas ilin. Vere en tio estas signo por popolo kredanta.

81. Allah estigis por vi en viaj loĝejoj ripozejon, kaj Li estigis por vi el la haŭtoj de la bestoj loĝejojn*, por ke vi trovu ilin facile, kiam vi transloĝiĝas kaj kiam vi enloĝiĝas; kaj el iliaj lano kaj felo kaj haroj Li estigis ilojn kaj utilaĵojn por iom da tempo.

82. Allah estigis el Siaj kreitaĵoj ombrolokojn, kaj el la montoj Li estigis loĝejojn por vi, kaj Li estigis vestaĵojn por vi, kiuj protektas vin de la varmego, kaj maŝkirasojn kiuj protektas vin en viaj militoj. Tiel Li plenumas Sian gracon por vi, por ke vi submetiĝu.

83. Se ili tamen turnas sin for, vi responsos nur pri la klara anonco.

84. Ili rekonas la gracon de Allah, sed tamen negas ĝin, kaj la plej multaj el ili estas miskredantoj.

* t.e.: tendojn

وَاللَّهُ أَخْرَجَكُم مِّن بُطُونِ أُمَّهَاتِكُمْ لَا تَعْلَمُونَ شَيْئًا
وَجَعَلَ لَكُمُ السَّمْعَ وَالْأَبْصَارَ وَالْأَفْئِدَةَ لَعَلَّكُمْ
تَشْكُرُونَ ﴿٧٩﴾
أَلَمْ يَرَوْا إِلَى الطَّيْرِ مُسَخَّرَاتٍ فِي جَوِّ السَّمَاءِ مَا
يُمْسِكُهُنَّ إِلَّا اللَّهُ ۗ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِّقَوْمٍ يُؤْمِنُونَ ﴿٨٠﴾
وَاللَّهُ جَعَلَ لَكُم مِّن بُيُوتِكُمْ سَكَنًا وَجَعَلَ لَكُم مِّن
جُلُودِ الْأَنْعَامِ بُيُوتًا تَسْتَخِفُّونَهَا يَوْمَ ظَعْنِكُمْ وَيَوْمَ
إِقَامَتِكُمْ ۙ وَمِنْ أَصْوَافِهَا وَأَوْبَارِهَا وَأَشْعَارِهَا
أَثَاثًا وَمَتَاعًا إِلَىٰ حِينٍ ﴿٨١﴾
وَاللَّهُ جَعَلَ لَكُم مِّمَّا خَلَقَ ظِلَالًا وَجَعَلَ لَكُم مِّنَ
الْجِبَالِ أَكْنَانًا وَجَعَلَ لَكُمْ سَرَابِيلَ تَقِيكُمُ الْحَرَّ
وَسَرَابِيلَ تَقِيكُم بَأْسَكُمْ ۚ كَذَٰلِكَ يُتِمُّ نِعْمَتَهُ عَلَيْكُمْ
لَعَلَّكُمْ تُسْلِمُونَ ﴿٨٢﴾
فَإِن تَوَلَّوْا فَإِنَّمَا عَلَيْكَ الْبَلَاغُ الْمُبِينُ ﴿٨٣﴾
يَعْرِفُونَ نِعْمَتَ اللَّهِ ثُمَّ يُنكِرُونَهَا وَأَكْثَرُهُمُ
الْكَافِرُونَ ﴿٨٤﴾ ع
وَيَوْمَ نَبْعَثُ مِن كُلِّ أُمَّةٍ شَهِيدًا ثُمَّ لَا يُؤْذَنُ
لِلَّذِينَ كَفَرُوا وَلَا هُمْ يُسْتَعْتَبُونَ ﴿٨٥﴾
وَإِذَا رَأَى الَّذِينَ ظَلَمُوا الْعَذَابَ فَلَا يُخَفَّفُ عَنْهُمْ
وَلَا هُمْ يُنظَرُونَ ﴿٨٦﴾
وَإِذَا رَأَى الَّذِينَ أَشْرَكُوا شُرَكَاءَهُمْ قَالُوا رَبَّنَا
هَٰؤُلَاءِ شُرَكَاؤُنَا الَّذِينَ كُنَّا نَدْعُو مِن دُونِكَ ۖ

85. Memoru la tagon, kiam Ni vekis el ĉiu popolo atestanton; poste ne estas permesite al la miskredantoj penti, nek estas akceptata ilia senkulpiĝo.

86. Kiam la malbonfarintoj vidos la punon, tiam ne estos plifaciligo por ili, nek ekzistos por ili prokrasto.

87. Kiam la idolanoj vidos siajn idolojn, ili diros: "Ho nia Sinjoro, ĉi tiuj estas niaj idoloj, kiujn ni vokis apud Vi". Tiam resendos ili mem al tiuj la kulpigon, dirante: "Vere vi estas mensoguloj".

88. Ili proponos al Allah sian submetiĝon en tiu tago, sed ĉio, kion ili elpensis, forlasos ilin tiam.

89. Pri tiuj, kiuj ne kredas kaj devojigas de la afero de Allah, sciu: al ilia puno Ni aldonos pli grandan punon, ĉar ili estigis malpacon.

90. En la tago, kiam Ni vekos en ĉiu popolo atestanton el ilia mezo, Ni portos vin kiel atestanton kontraŭ ili. Ni sendis al vi la Libron kiel klarigon de ĉiuj aferoj kaj kiel gvidilon kaj favoron kaj bonan novaĵon por la submetiĝintoj.

91. Vere Allah ordonas justecon kaj bonfaradon kaj helpadon al la parencoj, kaj Li malpermesas la diboĉon, la malbonon kaj la perforton. Li admonas vin, por ke vi memoru tion.

92. Plenumu la aliancon kun Allah, kiam vi faris aliancon, kaj ne rompu la ĵurojn, post kiam vi faris ilin; vi ja elektis Allahon via garantianto. Vere Allah scias, kion vi faras.

93. Ne estu kiel virino, kiu rompas sian fadenon en disligitajn erojn, post kiam ŝi ŝpinis ĝin. Vi faras viajn ĵurojn iloj de trompo reciproka, pro timo ke unu partio

فَأَلْقَوْا إِلَيْهِمُ الْقَوْلَ إِنَّكُمْ لَكَاذِبُونَ ﴿٨٧﴾
وَأَلْقَوْا إِلَى اللَّهِ يَوْمَئِذٍ السَّلَمَ وَضَلَّ عَنْهُم مَّا كَانُوا
يَفْتَرُونَ ﴿٨٨﴾
الَّذِينَ كَفَرُوا وَصَدُّوا عَن سَبِيلِ اللَّهِ زِدْنَاهُمْ
عَذَابًا فَوْقَ الْعَذَابِ بِمَا كَانُوا يُفْسِدُونَ ﴿٨٩﴾
وَيَوْمَ نَبْعَثُ فِي كُلِّ أُمَّةٍ شَهِيدًا عَلَيْهِم مِّنْ أَنفُسِهِمْ
وَجِئْنَا بِكَ شَهِيدًا عَلَىٰ هَٰؤُلَاءِ وَنَزَّلْنَا عَلَيْكَ الْكِتَابَ
تِبْيَانًا لِّكُلِّ شَيْءٍ وَهُدًى وَرَحْمَةً وَبُشْرَىٰ لِلْمُسْلِمِينَ ﴿٩٠﴾ ع ١٢ ١٨
إِنَّ اللَّهَ يَأْمُرُ بِالْعَدْلِ وَالْإِحْسَانِ وَإِيتَاءِ ذِي
الْقُرْبَىٰ وَيَنْهَىٰ عَنِ الْفَحْشَاءِ وَالْمُنكَرِ وَالْبَغْيِ
يَعِظُكُمْ لَعَلَّكُمْ تَذَكَّرُونَ ﴿٩١﴾
وَأَوْفُوا بِعَهْدِ اللَّهِ إِذَا عَاهَدتُّمْ وَلَا تَنقُضُوا الْأَيْمَانَ
بَعْدَ تَوْكِيدِهَا وَقَدْ جَعَلْتُمُ اللَّهَ عَلَيْكُمْ كَفِيلًا
إِنَّ اللَّهَ يَعْلَمُ مَا تَفْعَلُونَ ﴿٩٢﴾
وَلَا تَكُونُوا كَالَّتِي نَقَضَتْ غَزْلَهَا مِن بَعْدِ قُوَّةٍ
أَنكَاثًا تَتَّخِذُونَ أَيْمَانَكُمْ دَخَلًا بَيْنَكُمْ أَن تَكُونَ
أُمَّةٌ هِيَ أَرْبَىٰ مِنْ أُمَّةٍ إِنَّمَا يَبْلُوكُمُ اللَّهُ بِهِ وَلَيُبَيِّنَنَّ
لَكُمْ يَوْمَ الْقِيَامَةِ مَا كُنتُمْ فِيهِ تَخْتَلِفُونَ ﴿٩٣﴾
وَلَوْ شَاءَ اللَّهُ لَجَعَلَكُمْ أُمَّةً وَاحِدَةً وَلَٰكِن يُضِلُّ
مَن يَشَاءُ وَيَهْدِي مَن يَشَاءُ وَلَتُسْأَلُنَّ عَمَّا
كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ﴿٩٤﴾
وَلَا تَتَّخِذُوا أَيْمَانَكُمْ دَخَلًا بَيْنَكُمْ فَتَزِلَّ قَدَمٌ

povos iĝi pli forta ol la alia. Allah nur elprovas vin per tio, kaj Li klarigos por vi, en la tago de la reviviĝo tion, pri kio vi malkonsentis.

94. Se Allah volus, Li farus la homaron unu socio, sed Li male erarigas, kiun Li volas, kaj Li gvidas, kiun Li volas, kaj vi certe devos responsi pri tio, kion vi faris.

95. Ne faru viajn ĵurojn ilo de trompo reciproka, alie glitos via piedo, post kiam ĝi firme staris, kaj vi gustumos la malbonon, ĉar vi devojiĝis de la afero de Allah, kaj por vi estos terura turmento.

96. Ne vendu la aliancon kun Allah kontraŭ malalta prezo. Vere ĉe Allah estas tio, kio estas plej bona por vi; se vi nur scius tion!

97. Kio estas ĉe vi, estas pasema, kaj kio estas ĉe Allah, estas daŭra, kaj Ni certe donos al la persistuloj ilian rekompencon laŭ la plej bona el iliaj agoj.

98. Al tiu, kiu bonfaras – viro aŭ virino – kaj kredas, Ni donos plej bonan vivon, kaj Ni certe donos al ili ilian rekompencon laŭ la plej bona el iliaj faroj.

99. Kiam vi legas la Koranon, serĉu vian rifuĝon ĉe Allah kontraŭ Satano la Ŝtonumita.

100. Li ne havas povon super la kredantoj, kiuj fidas je sia Sinjoro.

101. Lia povo estas nur super tiuj, kiuj amikiĝas kun li, kaj super tiuj, kiuj aldonas rivalojn al Dio.

102. Kiam Ni portas iun revelacion anstataŭ alia – Allah bone scias, kion Li revelaciis –, ili diras: "Vi nur estas elpensanto". Ne! La plej multaj el ili ne scias.

بَعْدَ ثُبُوتِهَا وَتَذُوقُوا السُّوٓءَ بِمَا صَدَدْتُّمْ عَنْ
سَبِيلِ اللّٰهِ ۚ وَلَكُمْ عَذَابٌ عَظِيمٌ ﴿٩٥﴾
وَلَا تَشْتَرُوا بِعَهْدِ اللّٰهِ ثَمَنًا قَلِيلًا ۚ إِنَّمَا عِنْدَ اللّٰهِ
هُوَ خَيْرٌ لَّكُمْ إِنْ كُنْتُمْ تَعْلَمُونَ ﴿٩٦﴾
مَا عِنْدَكُمْ يَنْفَدُ وَمَا عِنْدَ اللّٰهِ بَاقٍ ۗ وَلَنَجْزِيَنَّ
الَّذِينَ صَبَرُوٓا أَجْرَهُمْ بِأَحْسَنِ مَا كَانُوا
يَعْمَلُونَ ﴿٩٧﴾
مَنْ عَمِلَ صَالِحًا مِّنْ ذَكَرٍ أَوْ أُنْثٰى وَهُوَ مُؤْمِنٌ
فَلَنُحْيِيَنَّهُ حَيٰوةً طَيِّبَةً ۚ وَلَنَجْزِيَنَّهُمْ أَجْرَهُمْ
بِأَحْسَنِ مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٩٨﴾
فَإِذَا قَرَأْتَ الْقُرْاٰنَ فَاسْتَعِذْ بِاللّٰهِ مِنَ الشَّيْطٰنِ
الرَّجِيمِ ﴿٩٩﴾
إِنَّهُ لَيْسَ لَهُ سُلْطٰنٌ عَلَى الَّذِينَ اٰمَنُوا وَعَلٰى رَبِّهِمْ
يَتَوَكَّلُونَ ﴿١٠٠﴾
إِنَّمَا سُلْطٰنُهُ عَلَى الَّذِينَ يَتَوَلَّوْنَهُ وَالَّذِينَ هُمْ بِهِ
مُشْرِكُونَ ﴿١٠١﴾
وَإِذَا بَدَّلْنَا اٰيَةً مَّكَانَ اٰيَةٍ ۙ وَاللّٰهُ أَعْلَمُ بِمَا
يُنَزِّلُ قَالُوا إِنَّمَا أَنْتَ مُفْتَرٍ ۚ بَلْ أَكْثَرُهُمْ
لَا يَعْلَمُونَ ﴿١٠٢﴾
قُلْ نَزَّلَهُ رُوحُ الْقُدُسِ مِنْ رَّبِّكَ بِالْحَقِّ لِيُثَبِّتَ
الَّذِينَ اٰمَنُوا وَهُدًى وَّبُشْرٰى لِلْمُسْلِمِينَ ﴿١٠٣﴾
وَلَقَدْ نَعْلَمُ أَنَّهُمْ يَقُولُونَ إِنَّمَا يُعَلِّمُهُ بَشَرٌ ۗ

103. Diru: "La spirito de sankteco portis ĝin de via Sinjoro kune kun la vero por firmigi la kredantojn, kiel gvidilon kaj bonan novaĵon por la submetiĝintoj".

104. Vere Ni scias, ke ili diras, ke tiu, kiu instruas ĝin, estas nur homo. Tamen la lingvo de tiu, kiun ili indikas, estas fremda, sed tiu ĉi estas araba, klara.

105. Allah ne gvidas tiujn, kiuj ne kredas je la signoj de Allah, kaj por ili estos dolora puno.

106. Estas nur tiuj, kiuj elpensas mensogojn, kiuj ne kredas je la signoj de Allah; nur ili estas la mensoguloj.

107. Tiu, kiu rifuzas Allahon, post kiam li kredis – krom tiu, kiu estas devigita, kvankam lia koro trovas pacon en la kredo – sed tiuj, kiuj malfermas siajn brustojn al la miskredo, sur ilin falos la kolero de Allah kaj por ili estos terura turmento.

108. Tio estas, ĉar ili preferis ĉi tiun vivon al la vivo venonta. Vere Allah ne gvidas la popolon miskredantan.

109. Estas tiuj, sur kies korojn kaj orelojn kaj okulojn Allah metis sigelon. Ili estas la ignorantoj.

110. Ne estas dubo, ke ili estos la perdantoj en la vivo venonta.

111. Poste vere via Sinjoro por tiuj, kiuj elmigris, post kiam ili estis persekutitaj, kaj batalis kaj persistis – vere Allah poste estas senkulpigema, pardonema –

112. en la tago, kiam ĉiu animo venos por defendi sin mem, al ĉiu animo estos donita la repago pro ĝiaj agoj, kaj por ili ne estos maljusteco.

لِسَانُ الَّذِي يُلْحِدُونَ إِلَيْهِ أَعْجَمِيٌّ وَهَٰذَا لِسَانٌ
عَرَبِيٌّ مُّبِينٌ ﴿١٠٤﴾
إِنَّ الَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ بِآيَاتِ اللَّهِ لَا يَهْدِيهِمُ اللَّهُ
وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٠٥﴾
إِنَّمَا يَفْتَرِي الْكَذِبَ الَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ بِآيَاتِ
اللَّهِ ۖ وَأُولَٰئِكَ هُمُ الْكَاذِبُونَ ﴿١٠٦﴾
مَن كَفَرَ بِاللَّهِ مِن بَعْدِ إِيمَانِهِ إِلَّا مَنْ أُكْرِهَ وَ
قَلْبُهُ مُطْمَئِنٌّ بِالْإِيمَانِ وَلَٰكِن مَّن شَرَحَ بِالْكُفْرِ
صَدْرًا فَعَلَيْهِمْ غَضَبٌ مِّنَ اللَّهِ وَلَهُمْ عَذَابٌ عَظِيمٌ ﴿١٠٧﴾
ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمُ اسْتَحَبُّوا الْحَيَاةَ الدُّنْيَا عَلَى الْآخِرَةِ وَ
أَنَّ اللَّهَ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الْكَافِرِينَ ﴿١٠٨﴾
أُولَٰئِكَ الَّذِينَ طَبَعَ اللَّهُ عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ وَسَمْعِهِمْ وَ
أَبْصَارِهِمْ ۖ وَأُولَٰئِكَ هُمُ الْغَافِلُونَ ﴿١٠٩﴾
لَا جَرَمَ أَنَّهُمْ فِي الْآخِرَةِ هُمُ الْخَاسِرُونَ ﴿١١٠﴾
ثُمَّ إِنَّ رَبَّكَ لِلَّذِينَ هَاجَرُوا مِن بَعْدِ مَا فُتِنُوا
ثُمَّ جَاهَدُوا وَصَبَرُوا إِنَّ رَبَّكَ مِن بَعْدِهَا لَغَفُورٌ
رَّحِيمٌ ﴿١١١﴾ ع ١٤ ١٠ ٢٠
يَوْمَ تَأْتِي كُلُّ نَفْسٍ تُجَادِلُ عَن نَّفْسِهَا وَتُوَفَّىٰ
كُلُّ نَفْسٍ مَّا عَمِلَتْ وَهُمْ لَا يُظْلَمُونَ ﴿١١٢﴾
وَضَرَبَ اللَّهُ مَثَلًا قَرْيَةً كَانَتْ آمِنَةً مُّطْمَئِنَّةً
يَأْتِيهَا رِزْقُهَا رَغَدًا مِّن كُلِّ مَكَانٍ فَكَفَرَتْ
بِأَنْعُمِ اللَّهِ فَأَذَاقَهَا اللَّهُ لِبَاسَ الْجُوعِ وَالْخَوْفِ

113. Allah prezentas al vi la similaĵon de urbo*, kiu ĝuis sekurecon kaj pacon; provizaĵoj abundaj venis al ĝi de ĉiuj flankoj; ĝi tamen rifuzis la favorojn de Allah, do Allah spertigis ilin la suferojn de la malsato kaj de la timo pro ilia agado.

114. Vere venis al ili sendito el ilia mezo, sed ili kulpigis lin pri mensogo, do atingis ilin la puno, ĉar ili estis malbonfarantoj.

115. Manĝu do el tio, kion Allah donis al vi, permesita kaj bona, kaj danku pro la graco de Allah, se estas Li Tiu, kiun vi adoras.

116. Vere Li malpermesis al vi nur ĉian mortintaĵon kaj la sangon kaj la viandon porkan kaj tion, super kio alia nomo estis alvokita ol tiu de Allah. Kiu tamen estas devigata de bezono – ne pro malobeo, nek ekscesante – vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

117. Ne diru – pro la falsemo de viaj langoj – "Tio ĉi estas permesita kaj tio estas malpermesita", elpensante mensogon kontraŭ Allah. Vere tiuj, kiuj elpensas mensogon kontraŭ Allah, ne havos sukceson.

118. Estas malgranda ĝuado, poste tamen estos por ili dolora puno.

119. Al la Judoj Ni jam malpermesis antaŭe tion, kion Ni sciigis al vi, kaj Ni ne agis maljuste kontraŭ ili, sed ili agis maljuste kontraŭ si mem.

120. Poste via Sinjoro por tiuj, kiuj malbonfaras nesciante kaj poste pentas kaj pliboniĝas –, vere via Sinjoro poste estas senkulpigema, pardonema.

121. Vere Abraham estis imitinda pri sia virto, obeema al Allah, justa, kaj li ne estis idolano,

بِمَا كَانُوا يَصْنَعُونَ ﴿١١٣﴾
وَلَقَدْ جَاءَهُمْ رَسُولٌ مِّنْهُمْ فَكَذَّبُوهُ فَأَخَذَهُمُ
الْعَذَابُ وَهُمْ ظٰلِمُونَ ﴿١١٤﴾
فَكُلُوا مِمَّا رَزَقَكُمُ اللّٰهُ حَلٰلًا طَيِّبًا وَّاشْكُرُوا
نِعْمَتَ اللّٰهِ إِنْ كُنْتُمْ إِيَّاهُ تَعْبُدُونَ ﴿١١٥﴾
إِنَّمَا حَرَّمَ عَلَيْكُمُ الْمَيْتَةَ وَالدَّمَ وَلَحْمَ الْخِنْزِيرِ
وَمَا أُهِلَّ لِغَيْرِ اللّٰهِ بِهٖ فَمَنِ اضْطُرَّ غَيْرَ بَاغٍ وَّ
لَا عَادٍ فَإِنَّ اللّٰهَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿١١٦﴾
وَلَا تَقُولُوا لِمَا تَصِفُ أَلْسِنَتُكُمُ الْكَذِبَ هٰذَا
حَلٰلٌ وَّهٰذَا حَرَامٌ لِّتَفْتَرُوا عَلَى اللّٰهِ الْكَذِبَ
إِنَّ الَّذِينَ يَفْتَرُونَ عَلَى اللّٰهِ الْكَذِبَ لَا يُفْلِحُونَ ﴿١١٧﴾
مَتَاعٌ قَلِيلٌ وَّلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١١٨﴾
وَعَلَى الَّذِينَ هَادُوا حَرَّمْنَا مَا قَصَصْنَا عَلَيْكَ
مِنْ قَبْلُ وَمَا ظَلَمْنٰهُمْ وَلٰكِنْ كَانُوا أَنْفُسَهُمْ
يَظْلِمُونَ ﴿١١٩﴾
ثُمَّ إِنَّ رَبَّكَ لِلَّذِينَ عَمِلُوا السُّوءَ بِجَهَالَةٍ ثُمَّ
تَابُوا مِنْ بَعْدِ ذٰلِكَ وَأَصْلَحُوا إِنَّ رَبَّكَ مِنْ بَعْدِهَا
لَغَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿١٢٠﴾ ع
إِنَّ إِبْرٰهِيمَ كَانَ أُمَّةً قَانِتًا لِّلّٰهِ حَنِيفًا وَلَمْ يَكُ
مِنَ الْمُشْرِكِينَ ﴿١٢١﴾
شَاكِرًا لِّأَنْعُمِهٖ اجْتَبٰهُ وَهَدٰهُ إِلٰى صِرَاطٍ
مُّسْتَقِيمٍ ﴿١٢٢﴾

---

* Mekko

122. danka pro Liaj bonfaraĵoj; Li elektis lin kaj gvidis lin sur la rektan vojon.

123. Ni donis al li bonon en ĉi tiu vivo, kaj li certe estos inter la justuloj en la vivo venonta.

124. Poste Ni revelaciis al vi: ”Sekvu la vojon de Abraham la justulo; li ne estis idolano”.

125. La puno pro la profanado de l’ sabato trafis nur tiujn, kiuj disputis pri tio, kaj vere via Sinjoro juĝos certe inter ili en la tago de la reviviĝo pri tio, pri kio ili malkonsentis.

126. Voku al la afero de via Sinjoro kun saĝeco kaj bona admono, kaj rezonu bonege kun ili. Vere Allah bone scias, kiu devojiĝis de Lia afero, kaj Li bone konas la gvidatojn.

127. Se vi punos, faru tion nur laŭ la kvanto de la ofendo ricevita; se vi tamen volas esti paciencaj, tiam tio estas plej bona por la pacienculoj.

128. Persistu – via pacienco tamen venas nur de Allah – kaj ne afliktiĝu pri ili kaj ne maltrankviliĝu pro iliaj maĥinacioj.

129. Vere Allah estas kun la justuloj kaj kun la bonfarantoj.

*

Fino de la 14-a parto

وَآتَيْنَاهُ فِي الدُّنْيَا حَسَنَةً ۖ وَإِنَّهُ فِي الْآخِرَةِ لَمِنَ
الصَّالِحِينَ ﴿١٢٣﴾
ثُمَّ أَوْحَيْنَا إِلَيْكَ أَنِ اتَّبِعْ مِلَّةَ إِبْرَاهِيمَ حَنِيفًا ۖ
وَمَا كَانَ مِنَ الْمُشْرِكِينَ ﴿١٢٤﴾
إِنَّمَا جُعِلَ السَّبْتُ عَلَى الَّذِينَ اخْتَلَفُوا فِيهِ ۚ وَإِنَّ
رَبَّكَ لَيَحْكُمُ بَيْنَهُمْ يَوْمَ الْقِيَامَةِ فِيمَا كَانُوا فِيهِ
يَخْتَلِفُونَ ﴿١٢٥﴾
ادْعُ إِلَىٰ سَبِيلِ رَبِّكَ بِالْحِكْمَةِ وَالْمَوْعِظَةِ الْحَسَنَةِ
وَجَادِلْهُمْ بِالَّتِي هِيَ أَحْسَنُ ۚ إِنَّ رَبَّكَ هُوَ أَعْلَمُ
بِمَنْ ضَلَّ عَنْ سَبِيلِهِ ۖ وَهُوَ أَعْلَمُ بِالْمُهْتَدِينَ ﴿١٢٦﴾
وَإِنْ عَاقَبْتُمْ فَعَاقِبُوا بِمِثْلِ مَا عُوقِبْتُمْ بِهِ ۖ
وَلَئِنْ صَبَرْتُمْ لَهُوَ خَيْرٌ لِلصَّابِرِينَ ﴿١٢٧﴾
وَاصْبِرْ وَمَا صَبْرُكَ إِلَّا بِاللَّهِ ۚ وَلَا تَحْزَنْ عَلَيْهِمْ
وَلَا تَكُ فِي ضَيْقٍ مِمَّا يَمْكُرُونَ ﴿١٢٨﴾
إِنَّ اللَّهَ مَعَ الَّذِينَ اتَّقَوْا وَالَّذِينَ هُمْ
مُحْسِنُونَ ﴿١٢٩﴾ ١٦ ع ٢٢




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Estu laŭdegata Tiu, kiu portis Sian servanton nokte de la Sankta Moskeo al la Malproksima Moskeo*, kies ĉirkaŭaĵon Ni benis, por montri al li iujn el Niaj signoj. Vere Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉiovida.

3. Ni donis al Moseo la Libron kaj faris ĝin gvidilo por la idoj de Izrael: "Ne prenu iun alian ol Min, kiel protektanton;

4. ho idoj de tiuj, kiujn Ni portis kun Noa trans la maron! Vere li estis dankema servanto".

5. Ni klarigis al la idoj de Izrael en la Libro: "Jen, vi estigos malpacon dufoje en la lando, kaj vi certe estos fieregaj kaj malhumilaj".

6. Kiam nun venis la tempo fiksita por la unua el la du admonoj, Ni sendis kontraŭ vin Niajn servantojn, dotitajn je granda militista povo, kaj ili eniris perforte la domojn kaj tiel plenumiĝis la profetaĵo.

7. Poste Ni denove donis al vi la povon super ili, kaj Ni plifortigis vin per propraĵoj kaj idoj kaj plimultigis vin je nombro.

8. Se vi faras bonon, vi faras tion por vi mem, kaj se vi faras malbonon, tio estas kontraŭ vi mem. Kiam venis la tempo fiksita por la las-

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
سُبْحٰنَ الَّذِيْٓ اَسْرٰى بِعَبْدِهٖ لَيْلًا مِّنَ الْمَسْجِدِ
الْحَرَامِ اِلَى الْمَسْجِدِ الْاَقْصَا الَّذِيْ بٰرَكْنَا حَوْلَهٗ
لِنُرِيَهٗ مِنْ اٰيٰتِنَا ؕ اِنَّهٗ هُوَ السَّمِيْعُ الْبَصِيْرُ (٢)
وَاٰتَيْنَا مُوْسَى الْكِتٰبَ وَجَعَلْنٰهُ هُدًى لِّبَنِيْٓ
اِسْرَآءِيْلَ اَلَّا تَتَّخِذُوْا مِنْ دُوْنِيْ وَكِيْلًا (٣)
ذُرِّيَّةَ مَنْ حَمَلْنَا مَعَ نُوْحٍ ؕ اِنَّهٗ كَانَ عَبْدًا شَكُوْرًا (٤)
وَقَضَيْنَآ اِلٰى بَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ فِي الْكِتٰبِ لَتُفْسِدُنَّ
فِي الْاَرْضِ مَرَّتَيْنِ وَلَتَعْلُنَّ عُلُوًّا كَبِيْرًا (٥)
فَاِذَا جَآءَ وَعْدُ اُوْلٰىهُمَا بَعَثْنَا عَلَيْكُمْ عِبَادًا لَّنَآ
اُولِيْ بَاْسٍ شَدِيْدٍ فَجَاسُوْا خِلٰلَ الدِّيَارِ ؕ وَكَانَ وَعْدًا
مَّفْعُوْلًا (٦)
ثُمَّ رَدَدْنَا لَكُمُ الْكَرَّةَ عَلَيْهِمْ وَاَمْدَدْنٰكُمْ بِاَمْوَالٍ
وَّبَنِيْنَ وَجَعَلْنٰكُمْ اَكْثَرَ نَفِيْرًا (٧)
اِنْ اَحْسَنْتُمْ اَحْسَنْتُمْ لِاَنْفُسِكُمْ وَاِنْ اَسَاْتُمْ فَلَهَا ؕ
فَاِذَا جَآءَ وَعْدُ الْاٰخِرَةِ لِيَسُوْٓءٗا وُجُوْهَكُمْ وَلِيَدْخُلُوا
الْمَسْجِدَ كَمَا دَخَلُوْهُ اَوَّلَ مَرَّةٍ وَّلِيُتَبِّرُوْا مَا عَلَوْا
تَتْبِيْرًا (٨)
عَسٰى رَبُّكُمْ اَنْ يَّرْحَمَكُمْ ۚ وَاِنْ عُدْتُّمْ عُدْنَا ۘ وَجَعَلْنَا

---

* De Mekko al Jeruzalemo. Tamen ne temas, laŭ la plej fidindaj komentarioj, pri materia vojaĝo, sed pri revelacio, kiu estis farita al la Profeto Mahometo.

ta admono, Ni sendis malamikojn, por ke ili afliktu vin kaj eniru la Moskeon, kiel ili estis enirintaj la unuan fojon, kaj detruu tute ĉion, kion ili almilitis.

9. Estas eble, ke via Sinjoro havos kompaton al vi, sed se vi revenos denove al via antaŭa kredo, ankaŭ Ni revenos kaj Ni faros la inferon malliberejo por la miskredantoj.

10. Vere tiu ĉi Korano gvidas al tio, kio estas plej bona, kaj portas al la kredantoj, al tiuj, kiuj bonfaras, la bonan novaĵon, ke por ili estos granda rekompenco,

11. kaj ke Ni pretigis doloran punon por tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta.

12. La homo petas malbonon same kiel bonon, kaj la homo estas impulsiĝema.

13. Ni kreis la nokton kaj la tagon, du signojn, kaj Ni faris la signon de la nokto malluma kaj Ni faris la signon de la tago luma, por ke vi deziregu la plenumiĝon de la favoro de via Sinjoro, kaj sciu la mezuradon de la jaroj kaj la arton de la tempokalkulado. Ĉiun aĵon Ni faris klara per evidenta klarigo.

14. Al ĉiu homo Ni alkroĉos ĉe la nuko liajn farojn, kaj en la tago de la reviviĝo Ni prezentos al li libron, kiun li trovos sensigelita.

15. "Legu vian ŝuldolibron. Hodiaŭ sufiĉas via animo kiel juĝanto kontraŭ vi mem".

16. Kiu sekvas la ĝustan vojon, tiu faras tion por si mem; kiu eraradas, tiu faras tion por sia propra malutilo. Neniu ŝarĝita animo portos la ŝarĝon de iu alia. Ni neniam punas, antaŭ ol Ni sendis senditon.

17. Kiam Ni intencas detrui urbon, Ni sendas Nian ordonon al ĝiaj riĉuloj; sed ili pe-

جَهَنَّمَ لِلْكٰفِرِيْنَ حَصِيْرًا ﴿٩﴾
اِنَّ هٰذَا الْقُرْاٰنَ يَهْدِيْ لِلَّتِيْ هِيَ اَقْوَمُ وَيُبَشِّرُ
الْمُؤْمِنِيْنَ الَّذِيْنَ يَعْمَلُوْنَ الصّٰلِحٰتِ اَنَّ لَهُمْ
اَجْرًا كَبِيْرًا ﴿١٠﴾
وَّاَنَّ الَّذِيْنَ لَا يُؤْمِنُوْنَ بِالْاٰخِرَةِ اَعْتَدْنَا لَهُمْ عَذَابًا
اَلِيْمًا ﴿١١﴾ ع
وَيَدْعُ الْاِنْسَانُ بِالشَّرِّ دُعَآءَهٗ بِالْخَيْرِ ؕ وَكَانَ الْاِنْسَانُ
عَجُوْلًا ﴿١٢﴾
وَجَعَلْنَا الَّيْلَ وَالنَّهَارَ اٰيَتَيْنِ فَمَحَوْنَآ اٰيَةَ الَّيْلِ
وَجَعَلْنَآ اٰيَةَ النَّهَارِ مُبْصِرَةً لِّتَبْتَغُوْا فَضْلًا مِّنْ
رَّبِّكُمْ وَلِتَعْلَمُوْا عَدَدَ السِّنِيْنَ وَالْحِسَابَ ؕ وَكُلَّ
شَيْءٍ فَصَّلْنٰهُ تَفْصِيْلًا ﴿١٣﴾
وَكُلَّ اِنْسَانٍ اَلْزَمْنٰهُ طٰٓئِرَهٗ فِيْ عُنُقِهٖ ؕ وَنُخْرِجُ
لَهٗ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ كِتٰبًا يَّلْقٰىهُ مَنْشُوْرًا ﴿١٤﴾
اِقْرَاْ كِتٰبَكَ ؕ كَفٰى بِنَفْسِكَ الْيَوْمَ عَلَيْكَ حَسِيْبًا ﴿١٥﴾
مَنِ اهْتَدٰى فَاِنَّمَا يَهْتَدِيْ لِنَفْسِهٖ ۚ وَمَنْ ضَلَّ
فَاِنَّمَا يَضِلُّ عَلَيْهَا ؕ وَلَا تَزِرُ وَازِرَةٌ وِّزْرَ اُخْرٰى ؕ
وَمَا كُنَّا مُعَذِّبِيْنَ حَتّٰى نَبْعَثَ رَسُوْلًا ﴿١٦﴾
وَاِذَآ اَرَدْنَآ اَنْ نُّهْلِكَ قَرْيَةً اَمَرْنَا مُتْرَفِيْهَا
فَفَسَقُوْا فِيْهَا فَحَقَّ عَلَيْهَا الْقَوْلُ فَدَمَّرْنٰهَا تَدْمِيْرًا ﴿١٧﴾
وَكَمْ اَهْلَكْنَا مِنَ الْقُرُوْنِ مِنْۢ بَعْدِ نُوْحٍ ؕ وَكَفٰى
بِرَبِّكَ بِذُنُوْبِ عِبَادِهٖ خَبِيْرًۢا بَصِيْرًا ﴿١٨﴾

kegas en ĝi; tiam la juĝo falas sur ilin kaj Ni neniigas ilin tute.

18. Kiom multajn generaciojn Ni neniigis post Noa! Via Sinjoro scias kaj vidas suficê la pekojn de Siaj servantoj.

19. Por tiu, kiu deziregas la ĉi tieajn posedaĵojn, Ni pretigis ĉi tie, kion Ni volas, por kiu Ni volas; poste Ni destinis por li la inferon: en ĝi li brulos, malbenita kaj forpelita.

20. Kiu male deziregas la vivon venontan kaj klopodas persiste por atingi ĝin, kaj estas kredanta – iliaj klopodoj estos rekompencitaj.

21. Al ĉiuj el ili, tiuj kaj ĉi tiuj, Ni konsentas iom el la donaco de via Sinjoro, kaj la donaco de via Sinjoro estas senlima.

22. Rigardu, kiel Ni plialtigis iujn el ili super la aliaj, kaj la vivo venonta estos eĉ pli ampleksa rilate al rangoj kaj distingoj.

23. Ne aldonu al Allah alian Dion, por ke vi ne restu sidanta, en malfavoro kaj forgesita.

24. Via Sinjoro dekretis, ke vi nur adoru Lin kaj ke vi estu ĝentilaj al la gepatroj. Se unu el ili aŭ ambaŭ atingas maljunan aĝon ĉe vi, ne diru al ili: "Fi! " kaj ne riproĉu ilin, sed parolu al ili respekteme

25. kaj mallevu sur ilin la flugilon de la submetiĝo, kaj diru: "Mia Sinjoro, havu kompaton al ili, kiel ili zorgis pri mi, kiam mi estis etulo".

26. Via Sinjoro scias bone, kio estas en viaj animoj; se vi estas justaj, tiam Li certe estas senkulpigema por la konvertiĝantoj.

27. Donu al la parencoj ilian rajton kaj same al la malriĉuloj kaj al la vojirantoj, sed ne malŝparegu per malŝparego.

من كان يريد العاجلة عجلنا له فيها ما نشاء لمن
نريد ثم جعلنا له جهنم يصلىها مذموما
مدحورا ١٩
ومن أراد الآخرة وسعى لها سعيها وهو مؤمن
فأولئك كان سعيهم مشكورا ٢٠
كلا نمد هؤلاء وهؤلاء من عطاء ربك وما
كان عطاء ربك محظورا ٢١
انظر كيف فضلنا بعضهم على بعض وللآخرة أكبر
درجت وأكبر تفضيلا ٢٢
لا تجعل مع الله إلها آخر فتقعد مذموما
ع مخذولا ٢٣
وقضى ربك ألا تعبدوا إلا إياه وبالوالدين
إحسانا إما يبلغن عندك الكبر أحدهما أو
كلاهما فلا تقل لهما أف ولا تنهرهما وقل لهما
قولا كريما ٢٤
واخفض لهما جناح الذل من الرحمة وقل
رب ارحمهما كما ربياني صغيرا ٢٥
ربكم أعلم بما في نفوسكم إن تكونوا صالحين
فإنه كان للأوابين غفورا ٢٦
وآت ذا القربى حقه والمسكين وابن السبيل
ولا تبذر تبذيرا ٢٧
إن المبذرين كانوا إخوان الشياطين وكان

28. Vere la malŝparegantoj estas fratoj de la Satanoj, kaj Satano estas sendanka kontraŭ sia Sinjoro.

29. Se vi turnas vin for de ili, deziregante la favoron de via Sinjoro, je kiu vi esperas, tamen parolu al ili helpeme.

30. Via mano ne estu ligita al via kolo, sed ankaŭ ne etendu ĝin tro malfermita, por ke vi ne restu sidanta, riproĉita kaj malriĉiĝinta.

31. Vere via Sinjoro pliigas aŭ malpliigas la provizaĵojn por kiu Li volas, ĉar Li bone konas kaj vidas Siajn servantojn.

32. Ne mortigu viajn idojn pro timo de la malriĉeco. Ni provizas por ili kaj por vi. Vere, mortigi ilin estas granda peko.

33. Ne alproksimiĝu al la adulto; tio vere estas hontindaĵo kaj malbonega vojo.

34. Ne mortigu la vivon, kiun Allah faris neneniigenda, krom el ĝusta kaŭzo. Se iu estas mortigita maljuste, Ni donis la rajton postuli repagon, tamen li ne transpaŝu la limojn pri la mortigo, ĉar li havas ja helpon en la leĝo.

35. Ne alproksimiĝu al la propraĵoj de la orfo, krom por lia utilo, ĝis li atingos la plenaĝon, kaj plenumu la interkonsenton, ĉar pri la interkonsento vi devos responsi.

36. Donu plenan mezuron, kiam vi mezuras, kaj pesu per ĝusta pesilo; tio estas la plej bona maniero kaj la plej konvena finfine.

37. Ne sekvu tion, kion vi ne konas. Vere la orelo kaj la okulo kaj la koro, ili ĉiuj devos responsi.

الشَّيْطٰنُ لِرَبِّهٖ كَفُوْرًا ﴿٢٨﴾
وَاِمَّا تُعْرِضَنَّ عَنْهُمُ ابْتِغَآءَ رَحْمَةٍ مِّنْ رَّبِّكَ
تَرْجُوْهَا فَقُلْ لَّهُمْ قَوْلًا مَّيْسُوْرًا ﴿٢٩﴾
وَلَا تَجْعَلْ يَدَكَ مَغْلُوْلَةً اِلٰى عُنُقِكَ وَلَا تَبْسُطْهَا
كُلَّ الْبَسْطِ فَتَقْعُدَ مَلُوْمًا مَّحْسُوْرًا ﴿٣٠﴾
اِنَّ رَبَّكَ يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَّشَآءُ وَيَقْدِرُ ۭ اِنَّهٗ
ع كَانَ بِعِبَادِهٖ خَبِيْرًا ۢ بَصِيْرًا ﴿٣١﴾
وَلَا تَقْتُلُوْٓا اَوْلَادَكُمْ خَشْيَةَ اِمْلَاقٍ ۭ نَحْنُ نَرْزُقُهُمْ
وَاِيَّاكُمْ ۭ اِنَّ قَتْلَهُمْ كَانَ خِطْاً كَبِيْرًا ﴿٣٢﴾
وَلَا تَقْرَبُوا الزِّنٰٓى اِنَّهٗ كَانَ فَاحِشَةً ۭ وَسَآءَ سَبِيْلًا ﴿٣٣﴾
وَلَا تَقْتُلُوا النَّفْسَ الَّتِيْ حَرَّمَ اللّٰهُ اِلَّا بِالْحَقِّ ۭ وَمَنْ
قُتِلَ مَظْلُوْمًا فَقَدْ جَعَلْنَا لِوَلِيِّهٖ سُلْطٰنًا فَلَا يُسْرِفْ
فِّي الْقَتْلِ ۭ اِنَّهٗ كَانَ مَنْصُوْرًا ﴿٣٤﴾
وَلَا تَقْرَبُوْا مَالَ الْيَتِيْمِ اِلَّا بِالَّتِيْ هِيَ اَحْسَنُ حَتّٰى
يَبْلُغَ اَشُدَّهٗ ۠ وَاَوْفُوْا بِالْعَهْدِ ۚ اِنَّ الْعَهْدَ كَانَ مَسْـُٔوْلًا ﴿٣٥﴾
وَاَوْفُوا الْكَيْلَ اِذَا كِلْتُمْ وَزِنُوْا بِالْقِسْطَاسِ الْمُسْتَقِيْمِ ۭ
ذٰلِكَ خَيْرٌ وَّاَحْسَنُ تَاْوِيْلًا ﴿٣٦﴾
وَلَا تَقْفُ مَا لَيْسَ لَكَ بِهٖ عِلْمٌ ۭ اِنَّ السَّمْعَ وَالْبَصَرَ
وَالْفُؤَادَ كُلُّ اُولٰۗىِٕكَ كَانَ عَنْهُ مَسْـُٔوْلًا ﴿٣٧﴾
وَلَا تَمْشِ فِي الْاَرْضِ مَرَحًا ۚ اِنَّكَ لَنْ تَخْرِقَ الْاَرْضَ
وَلَنْ تَبْلُغَ الْجِبَالَ طُوْلًا ﴿٣٨﴾
كُلُّ ذٰلِكَ كَانَ سَيِّئُهٗ عِنْدَ رَبِّكَ مَكْرُوْهًا ﴿٣٩﴾

38. Ne vagadu malhumile sur la tero, ĉar vi ne povas disfendi la teron kaj vi ne povas konkuri kun la montoj je alteco.

39. La malbono de ĉio ĉi estas abomenindaĵo antaŭ via Sinjoro.

40. Tio estas parto de la saĝeco, kiun via Sinjoro revelaciis al vi. Do ne aldonu al Allah alian Dion, por ke vi ne estu ĵetita en la inferon, malbenita kaj forpelita.

41. Ĉu via Sinjoro privilegiis vin per filoj kaj prenis por Si mem filinojn el la anĝeloj? Vere vi jen diras skandalan parolon.

42. Ni klarigis diverse en ĉi tiu Korano, por ke ili pripensu, sed tio nur pliigis ilian kontraŭstaradon.

43. Diru: "Se estus kun Li aliaj Dioj, kiel ili diras, certe ili estus serĉintaj la vojon al la Sinjoro de l' Trono.

44. Sankta Li estas kaj eminenta super ĉio, kion ili asertas! ".

45. La sep ĉieloj, kaj la tero, kaj kiu ajn estas en ili, laŭdegas Lin kaj ĉio ajn, kio ekzistas, laŭdegas Lian gloron, sed vi ne komprenas ilian laŭdadon. Li vere estas grandanima, senkulpigema.

46. Kiam vi eldiras la Koranon, Ni estigas kaŝitan vualon inter vi kaj tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta,

47. kaj Ni metas sur iliajn korojn vualojn, por ke ili ne komprenu kaj sur iliajn orelojn surdecon kaj, kiam vi nomas vian Sinjoron en la Korano, nur Lin, tiam ili turnas siajn dorsojn malŝatante.

48. Ni bone scias, kion ili aŭskultas, kiam ili aŭskultas vin, kaj kiam ili kaŝe interparolas, kiam la malbonfarantoj diras: "Vi sekvas nur viron frenezan".

ذلك مما أوحى إليك ربك من الحكمة ولا تجعل
مع الله إلها آخر فتلقى في جهنم ملوما مدحورا ٣٩
أفأصفاكم ربكم بالبنين واتخذ من الملائكة
ع إناثا إنكم لتقولون قولا عظيما ٤٠
ولقد صرفنا في هذا القرآن ليذكروا وما يزيدهم
إلا نفورا ٤١
قل لو كان معه آلهة كما يقولون إذا لابتغوا إلى
ذي العرش سبيلا ٤٢
سبحانه وتعالى عما يقولون علوا كبيرا ٤٣
تسبح له السماوات السبع والأرض ومن فيهن
وإن من شيء إلا يسبح بحمده ولكن لا تفقهون
تسبيحهم إنه كان حليما غفورا ٤٤
وإذا قرأت القرآن جعلنا بينك وبين الذين
لا يؤمنون بالآخرة حجابا مستورا ٤٥
وجعلنا على قلوبهم أكنة أن يفقهوه وفي آذانهم
وقرا وإذا ذكرت ربك في القرآن وحده ولوا
على أدبارهم نفورا ٤٦
نحن أعلم بما يستمعون به إذ يستمعون إليك وإذ هم نجوى
إذ يقول الظالمون إن تتبعون إلا رجلا مسحورا ٤٧
انظر كيف ضربوا لك الأمثال فضلوا فلا يستطيعون
سبيلا ٤٨
وقالوا أإذا كنا عظاما ورفاتا أإنا لمبعوثون

49. Rigardu, kiel ili elpensas similaĵojn por vi, kaj tiel ili tiom devojiĝis, ke ili ne plu kapablas trovi sian vojon!

خلقا جديدا ﴿٥٠﴾

50. Kaj ili diras: ”Kiam ni fariĝos ostoj kaj polvo, ĉu ni vere estos vekitaj al nova kreo?

51. Diru: ”Estu ŝtonoj, aŭ fero,

52. aŭ alia kreita aĵo, kiu laŭ via opinio plej malfacile povas esti vekita! ”. Tiam ili diros: ”Kiu vekos nin? ”. Diru: ”Tiu, kiu kreis vin la unuan fojon”. Tiam ili skuos siajn kapojn kaj diros: ”Kiam okazos tio? ”. Diru: ”Eble tio okazos baldaŭ”.

53. Tio estos en la tago, kiam Li vokos vin; vi tiam respondos, laŭdante Lin, kaj vi opinios, ke vi malfruis nur tre malmulte.

قل كونوا حجارة او حديدا ﴿٥١﴾
او خلقا مما يكبر في صدوركم فسيقولون
من يعيدنا قل الذي فطركم اول مرة
فسينغضون اليك رءوسهم ويقولون متى
هو قل عسى ان يكون قريبا ﴿٥٢﴾
يوم يدعوكم فتستجيبون بحمده وتظنون ان
لبثتم الا قليلا ﴿٥٣﴾ ع
وقل لعبادي يقولوا التي هي احسن ان الشيطن
ينزغ بينهم ان الشيطن كان للانسان عدوا
مبينا ﴿٥٤﴾

54. Diru al Miaj servantoj, ke ili parolu nur la bonon, ĉar Satano semas nur malpacon inter ili. Vere Satano estas evidenta malamiko de la homoj.

55. Via Sinjoro vin bone konas. Se Li volos, Li havos kompaton al vi, sed se Li alie volos, Li punos vin. Ni ne sendis vin kiel gardanton super ili.

ربكم اعلم بكم ان يشا يرحمكم او ان يشا
يعذبكم وما ارسلنك عليهم وكيلا ﴿٥٥﴾

56. Via Sinjoro bone scias, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj Ni vere plialtigis iujn profetojn prefere al aliaj kaj Ni donis al David la psalmojn.

وربك اعلم بمن في السموت والارض ولقد
فضلنا بعض النبين على بعض واتينا داود
زبورا ﴿٥٦﴾

57. Diru: ”Voku do tiujn, kiujn vi elpensis apud Li: ili ne havas povon por forpreni de vi aŭ eviti al vi la malfeliĉon”.

قل ادعوا الذين زعمتم من دونه فلا يملكون
كشف الضر عنكم ولا تحويلا ﴿٥٧﴾

58. Tiuj, kiujn ili vokas, serĉas mem la proksimecon de sia Sinjoro – kiu el ili estas la plej proksima? – kaj esperas je Lia favoro kaj timas Lian punon. Vere la puno de via Sinjoro estas terura.

اولئك الذين يدعون يبتغون الى ربهم الوسيلة
ايهم اقرب ويرجون رحمته ويخافون عذابه
ان عذاب ربك كان محذورا ﴿٥٨﴾
وان من قرية الا نحن مهلكوها قبل يوم القيمة

59. Ne ekzistas urbo, kiun Ni ne detruos antaŭ la tago de la reviviĝo, aŭ punos per severa turmento. Tio estas skribita en la Libro.

أَوْ مُعَذِّبُوهَا عَذَابًا شَدِيدًا ۚ كَانَ ذَٰلِكَ فِي الْكِتَابِ
مَسْطُورًا ﴿٥٩﴾

60. Nenio alia malhelpus Nin sendi vin kun la signoj, ol la fakto, ke ili rifuzis la antaŭajn. Ni donis al la Tamudoj la kamelinon kiel evidentan signon, sed ili pekegis kontraŭ ĝi. Ni sendas signojn nur por admoni.

وَمَا مَنَعَنَا أَنْ نُرْسِلَ بِالْآيَاتِ إِلَّا أَنْ كَذَّبَ بِهَا
الْأَوَّلُونَ ۚ وَآتَيْنَا ثَمُودَ النَّاقَةَ مُبْصِرَةً فَظَلَمُوا
بِهَا ۚ وَمَا نُرْسِلُ بِالْآيَاتِ إِلَّا تَخْوِيفًا ﴿٦٠﴾

61. Memoru, kiam Ni diris al vi: "Via Sinjoro ĉirkaŭas la homojn". Ni nur estigis la vizion, kiun Ni vidigis al vi, kiel tenton por la homoj, kaj same la malbenitan arbon en la Korano. Ni admonas ilin, tio tamen nur firmigas ilin en ilia malpiegeco.

وَإِذْ قُلْنَا لَكَ إِنَّ رَبَّكَ أَحَاطَ بِالنَّاسِ ۚ وَمَا جَعَلْنَا
الرُّؤْيَا الَّتِي أَرَيْنَاكَ إِلَّا فِتْنَةً لِلنَّاسِ وَالشَّجَرَةَ
الْمَلْعُونَةَ فِي الْقُرْآنِ ۚ وَنُخَوِّفُهُمْ فَمَا يَزِيدُهُمْ
إِلَّا طُغْيَانًا كَبِيرًا ﴿٦١﴾

62. Kiam Ni diris al la anĝeloj: "Surgenuiĝu antaŭ Adam", ili surgenuiĝis ĉiuj krom Iblîs; li diris: "Ĉu mi devus surgenuiĝi antaŭ tiu, kiun Vi kreis el argilo? ";

وَإِذْ قُلْنَا لِلْمَلَائِكَةِ اسْجُدُوا لِآدَمَ فَسَجَدُوا إِلَّا
إِبْلِيسَ قَالَ أَأَسْجُدُ لِمَنْ خَلَقْتَ طِينًا ﴿٦٢﴾

63. li diris: "Kion Vi imagas? Ĉi tiu estas, kiun Vi honorigis super mi! Se Vi konsentos al mi prokraston ĝis la tago de la reviviĝo, certe mi akiros povon super lia idaro, esceptante nur malmultajn".

قَالَ أَرَأَيْتَكَ هَٰذَا الَّذِي كَرَّمْتَ عَلَيَّ لَئِنْ أَخَّرْتَنِ
إِلَىٰ يَوْمِ الْقِيَامَةِ لَأَحْتَنِكَنَّ ذُرِّيَّتَهُ إِلَّا قَلِيلًا ﴿٦٣﴾

64. Li diris: "Foriru! Kiuj el ili sekvos vin, vere ties repago estos la infero, abunda repago.

قَالَ اذْهَبْ فَمَنْ تَبِعَكَ مِنْهُمْ فَإِنَّ جَهَنَّمَ جَزَاؤُكُمْ
جَزَاءً مَوْفُورًا ﴿٦٤﴾

65. Trompu tiun el ili, kiun vi kapablas trompi per via voĉo, kaj puŝu kontraŭ ilin viajn rajdistojn kaj viajn infanteristojn, kaj estu la kunposedanto de iliaj propraĵoj kaj de ilia idaro, kaj faru promesojn al ili". Satano promesas nur trompon al ili.

وَاسْتَفْزِزْ مَنِ اسْتَطَعْتَ مِنْهُمْ بِصَوْتِكَ وَأَجْلِبْ
عَلَيْهِمْ بِخَيْلِكَ وَرَجِلِكَ وَشَارِكْهُمْ فِي الْأَمْوَالِ
وَالْأَوْلَادِ وَعِدْهُمْ ۚ وَمَا يَعِدُهُمُ الشَّيْطَانُ إِلَّا غُرُورًا ﴿٦٥﴾

66. "Super Miaj servantoj vi tamen ne havos povon". Via Sinjoro sufiĉas kiel Protektanto.

إِنَّ عِبَادِي لَيْسَ لَكَ عَلَيْهِمْ سُلْطَانٌ ۚ وَكَفَىٰ بِرَبِّكَ
وَكِيلًا ﴿٦٦﴾

67. Estas via Sinjoro Tiu, kiu puŝas la ŝipojn sur la maro por vi, por ke vi deziregu Lian gracon. Vere Li estas pardonema al vi.

رَبُّكُمُ الَّذِي يُزْجِي لَكُمُ الْفُلْكَ فِي الْبَحْرِ لِتَبْتَغُوا
مِنْ فَضْلِهِ ۚ إِنَّهُ كَانَ بِكُمْ رَحِيمًا ﴿٦٧﴾

68. Kiam vin trafas malfeliĉo sur la maro: pereintaj estas tiuj, kiujn vi vokis anstataŭ Lin. Kiam Li tamen savis vin sur la firman teron, tiam vi turnas vin for, ĉar la homo estas sendanka.

وَإِذَا مَسَّكُمُ الضُّرُّ فِي الْبَحْرِ ضَلَّ مَنْ تَدْعُونَ إِلَّا
إِيَّاهُ ۚ فَلَمَّا نَجَّاكُمْ إِلَى الْبَرِّ أَعْرَضْتُمْ ۚ وَكَانَ
الْإِنْسَانُ كَفُورًا ﴿٦٨﴾

69. Ĉu vi estas certaj, ke Li ne neniigos vin sur la firma tero, aŭ ke Li ne sendos kontraŭ vin fortegan venton, tiel ke vi poste ne trovos por vi iun ajn protektanton?

أَفَأَمِنْتُمْ أَنْ يَخْسِفَ بِكُمْ جَانِبَ الْبَرِّ أَوْ يُرْسِلَ
عَلَيْكُمْ حَاصِبًا ثُمَّ لَا تَجِدُوا لَكُمْ وَكِيلًا ﴿٦٩﴾

70. Aŭ ĉu vi estas certaj, ke Li ne resendos vin duafoje sur la maron kaj ne sendos kontraŭ vin fortegan venton kaj ne dronigos vin pro via miskredo? Poste vi ne trovos helpanton kontraŭ Ni.

أَمْ أَمِنْتُمْ أَنْ يُعِيدَكُمْ فِيهِ تَارَةً أُخْرَىٰ فَيُرْسِلَ
عَلَيْكُمْ قَاصِفًا مِنَ الرِّيحِ فَيُغْرِقَكُمْ بِمَا كَفَرْتُمْ ۙ
ثُمَّ لَا تَجِدُوا لَكُمْ عَلَيْنَا بِهِ تَبِيعًا ﴿٧٠﴾

71. Ni vere honorigis la idojn de Adam, kaj portis ilin sur la tero kaj sur la maro, kaj provizis ilin per bonaĵoj kaj distingis ilin super multaj el tiuj, kiujn Ni kreis.

وَلَقَدْ كَرَّمْنَا بَنِي آدَمَ وَحَمَلْنَاهُمْ فِي الْبَرِّ وَالْبَحْرِ
وَرَزَقْنَاهُمْ مِنَ الطَّيِّبَاتِ وَفَضَّلْنَاهُمْ عَلَىٰ كَثِيرٍ مِمَّنْ
خَلَقْنَا تَفْضِيلًا ﴿٧١﴾

72. Pensu pri la tago, en kiu Ni kunvenigos ĉiun popolon kune kun ĝia estro. Tiuj, kiuj tiam ricevos sian ŝuldolibron en la manon dekstran, legos ĝin, kaj ili ricevos eĉ ne joteton da maljusteco.

يَوْمَ نَدْعُو كُلَّ أُنَاسٍ بِإِمَامِهِمْ ۖ فَمَنْ أُوتِيَ كِتَابَهُ
بِيَمِينِهِ فَأُولَٰئِكَ يَقْرَءُونَ كِتَابَهُمْ وَلَا يُظْلَمُونَ فَتِيلًا ﴿٧٢﴾

73. Kiu tamen estas blinda en ĉi tiu vivo, tiu estos ankaŭ blinda en la vivo venonta, kaj li vagados malproksimen, for de la vojo.

وَمَنْ كَانَ فِي هَٰذِهِ أَعْمَىٰ فَهُوَ فِي الْآخِرَةِ أَعْمَىٰ وَأَضَلُّ
سَبِيلًا ﴿٧٣﴾

74. Ili preskaŭ sukcesis instigi vin al la ribelo kontraŭ tio, kion Ni revelaciis al vi, por ke vi elpensu ion alian kontraŭ Ni; tiam ili certe estus prenintaj vin kiel sian amikon.

وَإِنْ كَادُوا لَيَفْتِنُونَكَ عَنِ الَّذِي أَوْحَيْنَا إِلَيْكَ
لِتَفْتَرِيَ عَلَيْنَا غَيْرَهُ ۖ وَإِذًا لَاتَّخَذُوكَ خَلِيلًا ﴿٧٤﴾

75. Se Ni ne estus firmiginta vin, certe vi estus inkliniĝinta iom al ili.

وَلَوْلَا أَنْ ثَبَّتْنَاكَ لَقَدْ كِدْتَ تَرْكَنُ إِلَيْهِمْ شَيْئًا
قَلِيلًا ﴿٧٥﴾

76. Tiam Ni estus iginta vin gustumi duoblan aflikton en vivo kaj en morto, kaj vi ne estus trovinta helpanton kontraŭ Ni.

إِذًا لَأَذَقْنَاكَ ضِعْفَ الْحَيَاةِ وَضِعْفَ الْمَمَاتِ ثُمَّ لَا
تَجِدُ لَكَ عَلَيْنَا نَصِيرًا ﴿٧٦﴾

وَإِنْ كَادُوا لَيَسْتَفِزُّونَكَ مِنَ الْأَرْضِ لِيُخْرِجُوكَ

77. Ili preskaŭ sukcesis forigi vin per timo el la lando, por elirigi vin de ĝi; tiam ili tamen estus restintaj post vi nur tre malmulte da tempo.

78. Tiel Ni agis pri Niaj senditoj, kiujn Ni sendis antaŭ vi; vi ne trovos ŝanĝon pri Nia agado.

79. Levu la preĝon, kiam la suno subiras ĝis la mallumo de la nokto, kaj legu la Koranon je la tagiĝo. Vere la legado de la Korano je la tagiĝo estas plej konvena.

80. Vekiĝu por tio en la nokto: jen io pli utila por vi. Verŝajne via Sinjoro plialtigos vin al eminenta rango.

81. Diru: "Mia Sinjoro, faru ke mia eniro estu bona eniro, kaj mia eliro bona eliro, kaj donu al mi helpantan forton de Vi".

82. Kaj diru: "Venis la vero kaj malaperis la falso. Jen! La falso estas pasema".

83. El la Korano Ni sendas iom post iom tion, kio estas sanigilo kaj favoro por la kredantoj; por la malbonfarantoj tamen ĝi nur pliigas la malutilon.

84. Kiam Ni donas Nian gracon al la homoj, ili turnas sin kaj iras for, sed kiam trafas ilin malfeliĉo, ili malesperas.

85. Diru: "Ĉiu agas laŭ sia maniero, sed via Sinjoro scias bone, kiu vojo estas la plej bona".

86. Ili demandas vin pri la spirito. Diru: "La spirito estiĝas pro ordono de mia Sinjoro, kaj al vi estas donita nur malmulte da vera scio".

مِنْهَا وَإِذًا لَّا يَلْبَثُونَ خِلٰفَكَ إِلَّا قَلِيلًا ﴿٧٧﴾
سُنَّةَ مَنْ قَدْ أَرْسَلْنَا قَبْلَكَ مِنْ رُّسُلِنَا وَلَا تَجِدُ
لِسُنَّتِنَا تَحْوِيلًا ﴿٧٨﴾
أَقِمِ الصَّلٰوةَ لِدُلُوكِ الشَّمْسِ إِلٰى غَسَقِ الَّيْلِ وَ
قُرْاٰنَ الْفَجْرِ إِنَّ قُرْاٰنَ الْفَجْرِ كَانَ مَشْهُودًا ﴿٧٩﴾
وَمِنَ الَّيْلِ فَتَهَجَّدْ بِهٖ نَافِلَةً لَّكَ عَسٰٓى أَنْ يَّبْعَثَكَ
رَبُّكَ مَقَامًا مَّحْمُودًا ﴿٨٠﴾
وَقُلْ رَّبِّ أَدْخِلْنِيْ مُدْخَلَ صِدْقٍ وَّأَخْرِجْنِيْ مُخْرَجَ
صِدْقٍ وَّاجْعَلْ لِّيْ مِنْ لَّدُنْكَ سُلْطٰنًا نَّصِيْرًا ﴿٨١﴾
وَقُلْ جَآءَ الْحَقُّ وَزَهَقَ الْبَاطِلُ إِنَّ الْبَاطِلَ كَانَ
زَهُوْقًا ﴿٨٢﴾
وَنُنَزِّلُ مِنَ الْقُرْاٰنِ مَا هُوَ شِفَآءٌ وَّرَحْمَةٌ
لِّلْمُؤْمِنِيْنَ وَلَا يَزِيْدُ الظّٰلِمِيْنَ إِلَّا خَسَارًا ﴿٨٣﴾
وَإِذَآ أَنْعَمْنَا عَلَى الْإِنْسَانِ أَعْرَضَ وَنَاٰ بِجَانِبِهٖ وَإِذَا
مَسَّهُ الشَّرُّ كَانَ يَـُٔوْسًا ﴿٨٤﴾
قُلْ كُلٌّ يَّعْمَلُ عَلٰى شَاكِلَتِهٖ فَرَبُّكُمْ أَعْلَمُ بِمَنْ هُوَ
أَهْدٰى سَبِيْلًا ﴿٨٥﴾
وَيَسْـَٔلُوْنَكَ عَنِ الرُّوْحِ قُلِ الرُّوْحُ مِنْ أَمْرِ رَبِّيْ
وَمَآ أُوْتِيْتُمْ مِّنَ الْعِلْمِ إِلَّا قَلِيْلًا ﴿٨٦﴾
وَلَئِنْ شِئْنَا لَنَذْهَبَنَّ بِالَّذِيْٓ أَوْحَيْنَآ إِلَيْكَ ثُمَّ
لَا تَجِدُ لَكَ بِهٖ عَلَيْنَا وَكِيْلًا ﴿٨٧﴾
إِلَّا رَحْمَةً مِّنْ رَّبِّكَ إِنَّ فَضْلَهٗ كَانَ عَلَيْكَ كَبِيْرًا ﴿٨٨﴾

87. Se Ni volus, Ni certe povus forpreni, kion Ni revelaciis al vi; vi tiam ne trovus protektanton kontraŭ Ni,

88. krom la kompaton de via Sinjoro. Vere Lia graco al vi estas granda.

89. Diru: "Eĉ se unuiĝus la homoj kaj la Ĝinnoj por estigi ion similan al ĉi tiu Korano, ili ne povus estigi ion similan al ĝi, eĉ se ili subtenus unu la alian".

90. Ni vere prezentis al la homoj en ĉi tiu Korano ĉiuspecajn similaĵojn, sed la plej multaj el la homoj rifuzis ĉion krom la miskredon.

91. Ili diras: "Ni neniam kredos al vi, ĝis vi elŝprucigos fonton por ni el la tero,

92. aŭ vi havos ĝardenon kun daktilpalmoj kaj vinberarboj, kaj fluigos tra ĝi abundajn riverojn,

93. aŭ vi faligos la ĉielon en pecoj sur nin, kiel vi asertas, aŭ vi kondukos Allahon kaj la anĝelojn vidalvide al ni,

94. aŭ vi posedos domon el oro, aŭ vi supreniros al la ĉielo, kaj ni ne kredos al via supreniro, ĝis vi sendos al ni Libron el ĝi por legi". Diru: "Sankta estas mia Sinjoro! Ĉu mi estas io pli ol mortema sendito? ".

95. Nenio malhelpis la homojn kredi, kiam venis al ili la gvidado, ol la fakto, ke ili diris: "Ĉu Allah sendis homon kiel senditon? ".

96. Diru: "Se estus sur la tero anĝeloj, pacemaj kaj irantaj kviete, certe Ni estus sendinta al ili anĝelon el la ĉielo kiel senditon".

97. Diru: "Allah sufiĉas kiel atestanto inter mi kaj vi. Vere Li scias kaj vidas ĉion pri Siaj servantoj".

قُلْ لَّئِنِ اجْتَمَعَتِ الْاِنْسُ وَالْجِنُّ عَلٰٓى اَنْ يَّاْتُوْا بِمِثْلِ
هٰذَا الْقُرْاٰنِ لَا يَاْتُوْنَ بِمِثْلِهٖ وَلَوْ كَانَ بَعْضُهُمْ لِبَعْضٍ
ظَهِيْرًا ﴿٨٩﴾
وَلَقَدْ صَرَّفْنَا لِلنَّاسِ فِيْ هٰذَا الْقُرْاٰنِ مِنْ كُلِّ مَثَلٍ
فَاَبٰٓى اَكْثَرُ النَّاسِ اِلَّا كُفُوْرًا ﴿٩٠﴾
وَقَالُوْا لَنْ نُّؤْمِنَ لَكَ حَتّٰى تَفْجُرَ لَنَا مِنَ الْاَرْضِ
يَنْۢبُوْعًا ﴿٩١﴾
اَوْ تَكُوْنَ لَكَ جَنَّةٌ مِّنْ نَّخِيْلٍ وَّعِنَبٍ فَتُفَجِّرَ
الْاَنْهٰرَ خِلٰلَهَا تَفْجِيْرًا ﴿٩٢﴾
اَوْ تُسْقِطَ السَّمَآءَ كَمَا زَعَمْتَ عَلَيْنَا كِسَفًا اَوْ تَاْتِيَ
بِاللّٰهِ وَالْمَلٰٓئِكَةِ قَبِيْلًا ﴿٩٣﴾
اَوْ يَكُوْنَ لَكَ بَيْتٌ مِّنْ زُخْرُفٍ اَوْ تَرْقٰى فِي السَّمَآءِ
وَلَنْ نُّؤْمِنَ لِرُقِيِّكَ حَتّٰى تُنَزِّلَ عَلَيْنَا كِتٰبًا نَّقْرَؤُهٗ
قُلْ سُبْحَانَ رَبِّيْ هَلْ كُنْتُ اِلَّا بَشَرًا رَّسُوْلًا ﴿٩٤﴾ ع
وَمَا مَنَعَ النَّاسَ اَنْ يُّؤْمِنُوْٓا اِذْ جَآءَهُمُ الْهُدٰٓى
اِلَّآ اَنْ قَالُوْٓا اَبَعَثَ اللّٰهُ بَشَرًا رَّسُوْلًا ﴿٩٥﴾
قُلْ لَّوْ كَانَ فِي الْاَرْضِ مَلٰٓئِكَةٌ يَّمْشُوْنَ مُطْمَئِنِّيْنَ
لَنَزَّلْنَا عَلَيْهِمْ مِّنَ السَّمَآءِ مَلَكًا رَّسُوْلًا ﴿٩٦﴾
قُلْ كَفٰى بِاللّٰهِ شَهِيْدًا بَيْنِيْ وَبَيْنَكُمْ اِنَّهٗ كَانَ
بِعِبَادِهٖ خَبِيْرًا بَصِيْرًا ﴿٩٧﴾
وَمَنْ يَّهْدِ اللّٰهُ فَهُوَ الْمُهْتَدِ وَمَنْ يُّضْلِلْ فَلَنْ
تَجِدَ لَهُمْ اَوْلِيَآءَ مِنْ دُوْنِهٖ وَنَحْشُرُهُمْ يَوْمَ

98. Tiu, kiun Allah gvidas, estas bone gvidata; tiuj tamen, kiujn Li lasas erari, por ili vi ne trovos helpanton krom Li, kaj Ni kunvenigos ilin en la tago de la reviviĝo, kuŝantajn sur siaj vizaĝoj, blindajn, mutajn kaj surdajn. Ilia loĝejo estos la infero; kiam la flamo estingiĝos, Ni ekbruligos ĝin denove por ili.

99. Tio estas ilia repago, ĉar ili rifuzis Niajn signojn kaj diris: "Kiel? Kiam ni estos jam fariĝintaj ostoj kaj polvo, ĉu ni estos vekitaj al nova kreo? ".

100. Ĉu ili ne vidis, ke Allah, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron, havas povon por krei ion similan al ili? Li fiksis por ili limtempon pri kiu ne ekzistas dubo. La malbonfarantoj tamen rifuzas ĉion krom la miskredon.

101. Diru: "Se vi posedus la trezorojn de la favoro de mia Sinjoro, vere vi estus singardaj pri la disdono, pro timo, ĉar la homo estas avara".

102. Ni vere donis al Moseo naŭ signojn evidentajn. Demandu do la idojn de Izrael. Kiam li venis al ili, Faraono diris al li: "Mi vere rigardas vin kiel homon ensorĉitan".

103. Li diris: "Vi bone scias, ke sole la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero sendis tiujn signojn kiel atestaĵojn; mi vere rigardas vin, ho Faraono, kiel homon pereontan".

104. Li do decidis forpeli lin el la lando, sed Ni dronigis lin kaj ĉiujn tiujn, kiuj estis kun li.

105. Post tio Ni diris al la idoj de Izrael: "Loĝu en la lando, kaj, kiam venos la promeso de la vivo venonta, Ni kunvenigos vin en grupon".

الْقِيٰمَةِ عَلٰى وُجُوْهِهِمْ عُمْيًا وَّبُكْمًا وَّصُمًّا ۭ مَاْوٰىهُمْ
جَهَنَّمُ ۭ كُلَّمَا خَبَتْ زِدْنٰهُمْ سَعِيْرًا ﴿۹۸﴾
ذٰلِكَ جَزَاۗؤُهُمْ بِاَنَّهُمْ كَفَرُوْا بِاٰيٰتِنَا وَقَالُوْٓا ءَاِذَا
كُنَّا عِظَامًا وَّرُفَاتًا ءَاِنَّا لَمَبْعُوْثُوْنَ خَلْقًا جَدِيْدًا ﴿۹۹﴾
اَوَلَمْ يَرَوْا اَنَّ اللّٰهَ الَّذِيْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ
قَادِرٌ عَلٰٓى اَنْ يَّخْلُقَ مِثْلَهُمْ وَجَعَلَ لَهُمْ اَجَلًا لَّا
رَيْبَ فِيْهِ ۭ فَاَبَى الظّٰلِمُوْنَ اِلَّا كُفُوْرًا ﴿۱۰۰﴾
قُلْ لَّوْ اَنْتُمْ تَمْلِكُوْنَ خَزَاۗىِٕنَ رَحْمَةِ رَبِّيْٓ اِذًا لَّاَمْسَكْتُمْ
ع خَشْيَةَ الْاِنْفَاقِ ۭ وَكَانَ الْاِنْسَانُ قَتُوْرًا ﴿۱۰۱﴾
وَلَقَدْ اٰتَيْنَا مُوْسٰى تِسْعَ اٰيٰتٍۢ بَيِّنٰتٍ فَسْــَٔلْ بَنِيْٓ اِسْرَاۗءِيْلَ
اِذْ جَاۗءَهُمْ فَقَالَ لَهٗ فِرْعَوْنُ اِنِّيْ لَاَظُنُّكَ يٰمُوْسٰى
مَسْحُوْرًا ﴿۱۰۲﴾
قَالَ لَقَدْ عَلِمْتَ مَآ اَنْزَلَ هٰٓؤُلَاۗءِ اِلَّا رَبُّ السَّمٰوٰتِ
وَالْاَرْضِ بَصَاۗىِٕرَ ۚ وَاِنِّيْ لَاَظُنُّكَ يٰفِرْعَوْنُ مَثْبُوْرًا ﴿۱۰۳﴾
فَاَرَادَ اَنْ يَّسْتَفِزَّهُمْ مِّنَ الْاَرْضِ فَاَغْرَقْنٰهُ وَمَنْ
مَّعَهٗ جَمِيْعًا ﴿۱۰۴﴾
وَّقُلْنَا مِنْۢ بَعْدِهٖ لِبَنِيْٓ اِسْرَاۗءِيْلَ اسْكُنُوا الْاَرْضَ
فَاِذَا جَاۗءَ وَعْدُ الْاٰخِرَةِ جِئْنَا بِكُمْ لَفِيْفًا ﴿۱۰۵﴾
وَبِالْحَقِّ اَنْزَلْنٰهُ وَبِالْحَقِّ نَزَلَ ۭ وَمَآ اَرْسَلْنٰكَ اِلَّا
مُبَشِّرًا وَّنَذِيْرًا ﴿۱۰۶﴾
وَقُرْاٰنًا فَرَقْنٰهُ لِتَقْرَاَهٗ عَلَى النَّاسِ عَلٰى مُكْثٍ
وَّنَزَّلْنٰهُ تَنْزِيْلًا ﴿۱۰۷﴾

106. Ni sendis ĝin kun la vero, kaj kun la vero ĝi venis malsupren, kaj vin Ni sendis nur kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton.

107. Ni revelaciis la Koranon iom post iom, por ke vi proklamu ĝin al la homoj pecon post peco, kaj Ni sendadis ĝin iom post iom malsupren.

108. Diru: "Ĉu vi kredas al ĝi, ĉu vi ne kredas, vere tiuj, al kiuj antaŭe estis donita la vera scio, kiam al ili estos legite el ĝi, ili falos sur siajn vizaĝojn terenkuŝiĝante,

109. kaj ili diros: "Sankta estas nia Sinjoro! Jen! Vere la promeso de nia Sinjoro plenumiĝis".

110. Plorante, ili falos sur siajn vizaĝojn kaj tio pliigos ilian humilecon.

111. Diru: "Alvoku Allahon aŭ alvoku la Doneman – per kiu ajn nomo vi alvokas, al Li apartenas la plej belaj nomoj". Ne diru vian preĝon tro laŭte, kaj ne flustru ĝin tro mallaŭte, sed trovu vojon meze inter la du ekstremoj.

112. Diru: "Laŭdegata estu Allah, kiu ne prenis al Si idon, kaj ne havas rivalon je Sia suvereneco, kaj ne bezonas protektanton pro malforteco". Laŭdegu Lin en Lia gloro!

قُلْ آمِنُوا بِهِ أَوْ لَا تُؤْمِنُوا إِنَّ الَّذِينَ أُوتُوا الْعِلْمَ
مِنْ قَبْلِهِ إِذَا يُتْلَىٰ عَلَيْهِمْ يَخِرُّونَ لِلْأَذْقَانِ
سُجَّدًا ﴿١٠٨﴾
وَيَقُولُونَ سُبْحَانَ رَبِّنَا إِنْ كَانَ وَعْدُ رَبِّنَا لَمَفْعُولًا ﴿١٠٩﴾
وَيَخِرُّونَ لِلْأَذْقَانِ يَبْكُونَ وَيَزِيدُهُمْ خُشُوعًا ۩ ﴿١١٠﴾ السجدة
قُلِ ادْعُوا اللَّهَ أَوِ ادْعُوا الرَّحْمَٰنَ أَيًّا مَا تَدْعُوا فَلَهُ الْأَسْمَاءُ
الْحُسْنَىٰ ۚ وَلَا تَجْهَرْ بِصَلَاتِكَ وَلَا تُخَافِتْ بِهَا وَ
ابْتَغِ بَيْنَ ذَٰلِكَ سَبِيلًا ﴿١١١﴾
وَقُلِ الْحَمْدُ لِلَّهِ الَّذِي لَمْ يَتَّخِذْ وَلَدًا وَلَمْ يَكُنْ
لَهُ شَرِيكٌ فِي الْمُلْكِ وَلَمْ يَكُنْ لَهُ وَلِيٌّ مِنَ الذُّلِّ
وَكَبِّرْهُ تَكْبِيرًا ﴿١١٢﴾ ١٢ ع ١٢

سُوْرَةُ الْكَهْفِ مَكِّيَّةٌ (١٨)

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Estu laŭdegata Allah, kiu sendis la Libron al Sia servanto kaj ne metis en ĝin ion ajn malrektan,

3. kontraŭe, kiel rektan admonon, por ke ĝi minacu per severa puno de Li, kaj portu al la kredantoj, kiuj bonfaras, la bonan novaĵon, ke por ili estos plej bona rekompenco,

4. kiu apartenos al ili eterne,

5. kaj admonu tiujn, kiuj diras: "Allah prenis al Si filon".

6. Pri tio ili ne havas ian ajn scion, kaj same ne havis iliaj patroj. Skandala estas la vorto, kiu eliras el iliaj buŝoj. Ili diras nur mensogojn.

7. Eble via animo afliktiĝos pri ili, se ili ne kredos al ĉi tiu parolo.

8. Jen! Ni kreis ĉion, kio estas sur la tero, ornamaĵo por ĝi, por eltrovi, kiu estas la plej bona el ili je l' agado.

9. Jen! Ni aliigos ĉion, kio estas sur ĝi, en sekan polvon.

10. Ĉu vi pensas, ke la Popoloj de la Kaverno kaj de la Skribo estas mirigaĵoj inter Niaj signoj?

---

* v. la verson 10an k.sekv.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
اَلْحَمْدُ لِلّٰهِ الَّذِيْٓ اَنْزَلَ عَلٰى عَبْدِهِ الْكِتٰبَ وَلَمْ
يَجْعَلْ لَّهٗ عِوَجًا (٢)
قَيِّمًا لِّيُنْذِرَ بَاْسًا شَدِيْدًا مِّنْ لَّدُنْهُ وَيُبَشِّرَ
الْمُؤْمِنِيْنَ الَّذِيْنَ يَعْمَلُوْنَ الصّٰلِحٰتِ اَنَّ لَهُمْ
اَجْرًا حَسَنًا (٣)
مّٰكِثِيْنَ فِيْهِ اَبَدًا (٤)
وَّيُنْذِرَ الَّذِيْنَ قَالُوا اتَّخَذَ اللّٰهُ وَلَدًا (٥)
مَا لَهُمْ بِهٖ مِنْ عِلْمٍ وَّلَا لِاٰبَآئِهِمْ كَبُرَتْ
كَلِمَةً تَخْرُجُ مِنْ اَفْوَاهِهِمْ اِنْ يَّقُوْلُوْنَ اِلَّا
كَذِبًا (٦)
فَلَعَلَّكَ بَاخِعٌ نَّفْسَكَ عَلٰٓى اٰثَارِهِمْ اِنْ لَّمْ يُؤْمِنُوْا
بِهٰذَا الْحَدِيْثِ اَسَفًا (٧)
اِنَّا جَعَلْنَا مَا عَلَى الْاَرْضِ زِيْنَةً لَّهَا لِنَبْلُوَهُمْ
اَيُّهُمْ اَحْسَنُ عَمَلًا (٨)
وَاِنَّا لَجٰعِلُوْنَ مَا عَلَيْهَا صَعِيْدًا جُرُزًا (٩)
اَمْ حَسِبْتَ اَنَّ اَصْحٰبَ الْكَهْفِ وَالرَّقِيْمِ كَانُوْا
مِنْ اٰيٰتِنَا عَجَبًا (١٠)
اِذْ اَوَى الْفِتْيَةُ اِلَى الْكَهْفِ فَقَالُوْا رَبَّنَآ اٰتِنَا

11. Kiam la junuloj serĉis rifuĝon en la kavernon kaj diris: ”Ho nia Sinjoro, donu al ni Vian kompaton kaj gvidu nin rekte pri nia afero”.

12. Ni do sigelis iliajn orelojn en la kaverno por kelkaj jaroj,

13. poste Ni vekis ilin por ekscii, kiu el ambaŭ grupoj kalkulis pli ĝuste la tempon de sia restado.

14. Ni volas rakonti al vi ilian historion laŭvere; ili estis junuloj, kiuj kredis je sia Sinjoro kaj Ni pliigis la gvidadon por ili,

15. kaj Ni plifortigis iliajn korojn, kiam ili stariĝis kaj diris: ”Nia Sinjoro estas la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero. Neniam ni vokos alian Dion ol Lin. Alie ni eldirus monstraĵon.

16. Ĉi tiu nia popolo prenis por si aliajn Diojn apud Allah. Kial ili ne montras pri ili pruvon evidentan? Kiu estas pli malbonfaranta ol tiu, kiu elpensas mensogojn kontraŭ Allah?

17. Se vi nun turnas vin for de ili kaj de tio, kion ili adoras anstataŭ Allahon, serĉu rifuĝon en la kavernon; via Sinjoro etendos Sian kompaton sur vin, kaj Li montros al vi la solvon de ĉi tiu via afero”.

18. Vi povis vidi la sunon, kiam ĝi suprenirís, turni sin for de ilia kaverno dekstren, kaj maldekstren, kiam ĝi subiris; kaj ili estis en kavo en la mezo. Tio apartenas al la signoj de Allah. Tiu, kiun Allah gvidas, estas gvidata kaj tiu, kiun Allah lasas erari, por li vi nenie trovos protektanton aŭ gvidanton.

19. Vi kredus ilin vekitaj, dum efektive ili dormis; Ni turnadis ilin dekstren kaj Ni turnadis ilin maldekstren, dum ilia hundo streĉis siajn piedojn sur la sojlo. Se vi estus

مِن لَّدُنكَ رَحْمَةً وَهَيِّئْ لَنَا مِنْ أَمْرِنَا رَشَدًا ﴿١١﴾
فَضَرَبْنَا عَلَىٰ آذَانِهِمْ فِي الْكَهْفِ سِنِينَ عَدَدًا ﴿١٢﴾
ثُمَّ بَعَثْنَاهُمْ لِنَعْلَمَ أَيُّ الْحِزْبَيْنِ أَحْصَىٰ لِمَا
لَبِثُوا أَمَدًا ﴿١٣﴾
نَحْنُ نَقُصُّ عَلَيْكَ نَبَأَهُم بِالْحَقِّ ۚ إِنَّهُمْ فِتْيَةٌ
آمَنُوا بِرَبِّهِمْ وَزِدْنَاهُمْ هُدًى ﴿١٤﴾
وَرَبَطْنَا عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ إِذْ قَامُوا فَقَالُوا رَبُّنَا رَبُّ
السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ لَن نَّدْعُوَ مِن دُونِهِ إِلَٰهًا
لَّقَدْ قُلْنَا إِذًا شَطَطًا ﴿١٥﴾
هَٰؤُلَاءِ قَوْمُنَا اتَّخَذُوا مِن دُونِهِ آلِهَةً ۖ لَّوْلَا
يَأْتُونَ عَلَيْهِم بِسُلْطَانٍ بَيِّنٍ ۖ فَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنِ
افْتَرَىٰ عَلَى اللَّهِ كَذِبًا ﴿١٦﴾
وَإِذِ اعْتَزَلْتُمُوهُمْ وَمَا يَعْبُدُونَ إِلَّا اللَّهَ فَأْوُوا
إِلَى الْكَهْفِ يَنشُرْ لَكُمْ رَبُّكُم مِّن رَّحْمَتِهِ وَيُهَيِّئْ
لَكُم مِّنْ أَمْرِكُم مِّرْفَقًا ﴿١٧﴾
وَتَرَى الشَّمْسَ إِذَا طَلَعَت تَّزَاوَرُ عَن كَهْفِهِمْ
ذَاتَ الْيَمِينِ وَإِذَا غَرَبَت تَّقْرِضُهُمْ ذَاتَ
الشِّمَالِ وَهُمْ فِي فَجْوَةٍ مِّنْهُ ۚ ذَٰلِكَ مِنْ آيَاتِ
اللَّهِ ۗ مَن يَهْدِ اللَّهُ فَهُوَ الْمُهْتَدِ ۖ وَمَن يُضْلِلْ فَلَن
تَجِدَ لَهُ وَلِيًّا مُّرْشِدًا ﴿١٨﴾
وَتَحْسَبُهُمْ أَيْقَاظًا وَهُمْ رُقُودٌ ۚ وَنُقَلِّبُهُمْ
ذَاتَ الْيَمِينِ وَذَاتَ الشِّمَالِ ۖ وَكَلْبُهُم بَاسِطٌ

15. Rigardu: Mi estas Allah, ne ekzistas alia Dio ol Mi, do adoru Min kaj levu la preĝon je Mia memoro.

إِنَّ السَّاعَةَ آتِيَةٌ أَكَادُ أُخْفِيهَا لِتُجْزَىٰ كُلُّ نَفْسٍ
بِمَا تَسْعَىٰ ﴿١٦﴾

16. Rigardu: vere la Horo venos, baldaŭ Mi senvualigos ĝin, por ke ĉiu animo estu rekompencita laŭ siaj klopodoj.

فَلَا يَصُدَّنَّكَ عَنْهَا مَنْ لَا يُؤْمِنُ بِهَا وَاتَّبَعَ
هَوَاهُ فَتَرْدَىٰ ﴿١٧﴾

17. Ne permesu do, ke tiu, kiu ne kredas je ĝi kaj sekvas siajn malbonajn pasiojn, devojigu vin de ĝi, por ke vi ne pereu.

وَمَا تِلْكَ بِيَمِينِكَ يَا مُوسَىٰ ﴿١٨﴾

18. Kio estas tio, kio estas en via dekstra mano, ho Moseo? ".

قَالَ هِيَ عَصَايَ أَتَوَكَّأُ عَلَيْهَا وَأَهُشُّ بِهَا
عَلَىٰ غَنَمِي وَلِيَ فِيهَا مَآرِبُ أُخْرَىٰ ﴿١٩﴾

19. Li respondis: "Tio ĉi estas mia vergo; mi apogas min sur ĝi, kaj mi debatas per ĝi foliojn por miaj ŝafoj, kaj mi havas ankaŭ aliajn utilojn de ĝi".

قَالَ أَلْقِهَا يَا مُوسَىٰ ﴿٢٠﴾

فَأَلْقَاهَا فَإِذَا هِيَ حَيَّةٌ تَسْعَىٰ ﴿٢١﴾

20. Li diris: "Ĵetu ĝin, ho Moseo! ".

قَالَ خُذْهَا وَلَا تَخَفْ سَنُعِيدُهَا سِيرَتَهَا
الْأُولَىٰ ﴿٢٢﴾

21. Li do ĵetis ĝin kaj ĝi fariĝis serpento rampanta.

22. Li diris: "Prenu ĝin kaj ne timu. Ni aliigos ĝin en ĝian antaŭan formon.

وَاضْمُمْ يَدَكَ إِلَىٰ جَنَاحِكَ تَخْرُجْ بَيْضَاءَ مِنْ
غَيْرِ سُوءٍ آيَةً أُخْرَىٰ ﴿٢٣﴾

23. Metu vian manon sub vian akselon, vi eltiros ĝin blanka, sen makulo: plua signo,

لِنُرِيَكَ مِنْ آيَاتِنَا الْكُبْرَى ﴿٢٤﴾

24. por ke Ni montru al vi Niajn plej grandajn signojn.

اذْهَبْ إِلَىٰ فِرْعَوْنَ إِنَّهُ طَغَىٰ ﴿٢٥﴾

25. Iru al Faraono, ĉar li ekscesis".

قَالَ رَبِّ اشْرَحْ لِي صَدْرِي ﴿٢٦﴾

وَيَسِّرْ لِي أَمْرِي ﴿٢٧﴾

26. Li diris: "Ho mia Sinjoro, malfermu por mi mian bruston,

وَاحْلُلْ عُقْدَةً مِنْ لِسَانِي ﴿٢٨﴾

يَفْقَهُوا قَوْلِي ﴿٢٩﴾

27. kaj plifaciligu por mi mian taskon,

وَاجْعَلْ لِي وَزِيرًا مِنْ أَهْلِي ﴿٣٠﴾

28. kaj malligu la nodojn de mia lango,

هَارُونَ أَخِي ﴿٣١﴾

29. por ke ili komprenu mian paroladon,

اشْدُدْ بِهِ أَزْرِي ﴿٣٢﴾

30. kaj donu al mi helpanton ei mia gento,

31. Aaronon, mian fraton;
وَأَشْرِكْهُ فِي أَمْرِي ﴿٣٢﴾

32. pliigu per li mian forton
كَيْ نُسَبِّحَكَ كَثِيرًا ﴿٣٣﴾

33. kaj igu lin partopreni je mia verko,
وَنَذْكُرَكَ كَثِيرًا ﴿٣٤﴾

34. por ke ni gloregu Vin ofte
إِنَّكَ كُنتَ بِنَا بَصِيرًا ﴿٣٥﴾

35. kaj memoru Vin ofte.
قَالَ قَدْ أُوتِيتَ سُؤْلَكَ يَٰمُوسَىٰ ﴿٣٦﴾

36. Vere Vi vidas nin bone".
وَلَقَدْ مَنَنَّا عَلَيْكَ مَرَّةً أُخْرَىٰ ﴿٣٧﴾

37. Li diris: "Via deziro estu plenumita, ho Moseo!
إِذْ أَوْحَيْنَا إِلَىٰ أُمِّكَ مَا يُوحَىٰ ﴿٣٨﴾

38. Vere Ni jam aliafoje estis bonvola al vi,
أَنِ اقْذِفِيهِ فِي التَّابُوتِ فَاقْذِفِيهِ فِي الْيَمِّ فَلْيُلْقِهِ
الْيَمُّ بِالسَّاحِلِ يَأْخُذْهُ عَدُوٌّ لِّي وَعَدُوٌّ لَّهُۥ ۚ وَ
أَلْقَيْتُ عَلَيْكَ مَحَبَّةً مِّنِّي ۚ وَلِتُصْنَعَ عَلَىٰ عَيْنِي ﴿٣٩﴾

39. kiam Ni sendis klaran revelacion al via patrino:

40. "Metu lin en keston kaj ĵetu lin en la riveron, ĉar la rivero portos lin al la bordo, kaj poste prenos lin Mia kaj lia malamiko". Mi ĉirkaŭis vin per Mia amo, por ke vi estu edukita sub Miaj okuloj.
إِذْ تَمْشِي أُخْتُكَ فَتَقُولُ هَلْ أَدُلُّكُمْ عَلَىٰ مَن يَكْفُلُهُۥ ۖ
فَرَجَعْنَٰكَ إِلَىٰ أُمِّكَ كَيْ تَقَرَّ عَيْنُهَا وَلَا تَحْزَنَ ۚ وَقَتَلْتَ
نَفْسًا فَنَجَّيْنَٰكَ مِنَ الْغَمِّ وَفَتَنَّٰكَ فُتُونًا ۚ فَلَبِثْتَ
سِنِينَ فِي أَهْلِ مَدْيَنَ ۚ ثُمَّ جِئْتَ عَلَىٰ قَدَرٍ يَٰمُوسَىٰ ﴿٤٠﴾

41. Kiam via fratino venis kaj diris: "Ĉu vi volas, ke mi montru al vi iun homon, kiu vartu lin? ". Tiel Ni redonis vin al via patrino, por ke refreŝiĝu ŝia okulo, kaj por ke ŝi ne ĉagreniĝu, kaj vi mortigis homon, sed Ni savis vin de la malfeliĉo, kaj tiam Ni provis vin per diversaj provoj, kaj vi restis kelkajn jarojn ĉe la popolo de Madjan, poste vi atingis la celon, ho Moseo!
وَاصْطَنَعْتُكَ لِنَفْسِي ﴿٤١﴾

42. Tiel Mi elektis vin por Mi.
اذْهَبْ أَنتَ وَأَخُوكَ بِـَٔايَٰتِي وَلَا تَنِيَا فِي ذِكْرِي ﴿٤٢﴾

43. Iru do, vi kaj via frato, kun Miaj signoj, kaj ne laciĝu je Mia memoro.
اذْهَبَا إِلَىٰ فِرْعَوْنَ إِنَّهُۥ طَغَىٰ ﴿٤٣﴾

44. Iru al Faraono, ĉar li ekscesis.
فَقُولَا لَهُۥ قَوْلًا لَّيِّنًا لَّعَلَّهُۥ يَتَذَكَّرُ أَوْ يَخْشَىٰ ﴿٤٤﴾

45. Parolu tamen al li paroladon malseveran, eble vi povos konverti lin, aŭ eble li timos".
قَالَا رَبَّنَا إِنَّنَا نَخَافُ أَن يَفْرُطَ عَلَيْنَا أَوْ أَن
يَطْغَىٰ ﴿٤٥﴾

46. Ili ambaŭ respondis: "Ho nia Sinjoro, ni vere timas, ke li perfortos nin, aŭ ke li eĉ plie ekscesos".
قَالَ لَا تَخَافَا ۖ إِنَّنِي مَعَكُمَا أَسْمَعُ وَأَرَىٰ ﴿٤٦﴾
فَأْتِيَاهُ فَقُولَا إِنَّا رَسُولَا رَبِّكَ فَأَرْسِلْ مَعَنَا بَنِي

47. Li diris: ”Ne timu. Vere Mi estas kun vi ambaŭ. Mi aŭdas kaj vidas.

48. Do iru al li kaj diru: ”Ni estas du senditoj de via Sinjoro, do permesu al la idoj de Izrael foriri kaj ne afliktu ilin. Ni vere portis al vi signon de via Sinjoro: la paco estu kun tiu, kiu sekvas la gvidadon!

49. Vere estis revelaciite al ni, ke la puno trafos tiun, kiu nekredas kaj turnas sin for”.

50. Li diris: ”Kiu estas la Sinjoro de vi ambaŭ, ho Moseo? ”.

51. Li respondis: ”Nia Sinjoro estas Tiu, kiu donis al ĉiuj aĵoj iliajn ecojn kaj poste gvidis ilin”.

52. Faraono diris: ”Kiu do estas la stato de la pasintaj generacioj? ”.

53. Li respondis: ”La scio pri tio estas ĉe mia Sinjoro en Libro. Mia Sinjoro ne eraras kaj ne forgesas”.

54. Estas Li Tiu, kiu faris por vi la teron lulilo, kaj igas la vojojn etendiĝi por vi sur ĝi, kaj sendas el la ĉielo akvon. Per ĝi Ni estigas diversspecajn kreskaĵojn.

55. Manĝu kaj paŝtu vian brutaron. Vere en tio estas signoj por popolo prudenta.

56. El ĝi Ni kreis vin kaj en ĝin Ni reirigos vin kaj el ĝi Ni ankoraŭfoje elirigos vin.

57. Ni igis lin vidi Niajn signojn ĉiujn kune; Li tamen negis ilin kaj rifuzis kredi.

58. Li diris: ”Ĉu vi venis al ni por elirigi nin el nia lando, ho Moseo, per via magio?

59. Ni tamen portos magion similan al tiu ĉi; fiksu do renkonton inter ni kaj vi, kiun ni ne malobservos – nek ni nek vi – en loko meza”.

إسراءيل ولا تعذبهم قد جئنك بآية من
ربك والسلم على من اتبع الهدى ﴿٤٨﴾
إنا قد أوحي إلينا أن العذاب على من كذب
وتولى ﴿٤٩﴾
قال فمن ربكما يموسى ﴿٥٠﴾
قال ربنا الذي أعطى كل شيء خلقه ثم هدى ﴿٥١﴾
قال فما بال القرون الأولى ﴿٥٢﴾
قال علمها عند ربي في كتب لا يضل ربي و
لا ينسى ﴿٥٣﴾
الذي جعل لكم الأرض مهدا وسلك لكم
فيها سبلا وأنزل من السماء ماء فأخرجنا
به أزوجا من نبات شتى ﴿٥٤﴾
كلوا وارعوا أنعمكم إن في ذلك لآيت لأولي
النهى ﴿٥٥﴾ ع
منها خلقنكم وفيها نعيدكم ومنها نخرجكم
تارة أخرى ﴿٥٦﴾
ولقد أرينه آيتنا كلها فكذب وأبى ﴿٥٧﴾
قال أجئتنا لتخرجنا من أرضنا بسحرك
يموسى ﴿٥٨﴾
فلنأتينك بسحر مثله فاجعل بيننا وبينك
موعدا لا نخلفه نحن ولا أنت مكانا
سوى ﴿٥٩﴾

60. Li diris: ”Via kunveno estu en la tago de la soleno kaj la homoj kunvenu dumtage”.

61. Tiam Faraono foriris, preparis sian militruzon, poste li venis.

62. Moseo diris al ili: Ve al vi! Ne elpensu mensogon kontraŭ Allah, por ke Li ne neniigu vin per Sia puno. Kiu elpensas mensogojn, tiu humiliĝos”.

63. Tiam ili disputis pri siaj aferoj kaj ili interparolis sekrete.

64. Ili diris: ”Certe tiuj ĉi ambaŭ estas sorĉistoj, kiuj volas forpeli vin el via lando per siaj magioj kaj forpreni viajn plej belajn tradiciojn.

65. Pretigu do vian atakon, poste venu bone ordigitaj antaŭen, kaj certe sukcesos tiu, kiu hodiaŭ venkas”.

66. Ili diris: ”Ho Moseo, aŭ vi ĵetu, aŭ ni estos la unuaj je l' ĵeto”.

67. Li respondis: ”Ne! Ĵetu vi! ”. Kaj jen, iliaj ŝnuroj kaj iliaj bastonoj ŝajnis al li, per ilia magio, kvazaŭ ili kurus ĉirkaŭe.

68. Moseo sentis timon en si.

69. Ni diris: ”Ne timu, vere vi venkos.

70. Ĵetu tion, kio estas en via dekstra mano; ĝi neniigos, kion ili faris, ĉar tio, kion ili faris, estas nur ruzo de sorĉisto, kaj sorĉisto ne sukcesos, de kie ajn li venas”.

71. Tiam la sorĉistoj falis teren, surgenuiĝante. Ili diris: ”Ni kredas je la Sinjoro de Aaron kaj de Moseo”.

72. Faraono diris: ”Ĉu vi kredas je Li, antaŭ ol mi tion permesas al vi? Vere estas via majstro tiu, kiu instruis al vi la magion. Vere pro via malobeo mi fortranĉigos vi-

قَالَ مَوْعِدُكُمْ يَوْمُ الزِّينَةِ وَأَنْ يُحْشَرَ النَّاسُ
ضُحًى ﴿٥٩﴾
فَتَوَلَّىٰ فِرْعَوْنُ فَجَمَعَ كَيْدَهُ ثُمَّ أَتَىٰ ﴿٦٠﴾
قَالَ لَهُمْ مُوسَىٰ وَيْلَكُمْ لَا تَفْتَرُوا عَلَى اللَّهِ كَذِبًا
فَيُسْحِتَكُمْ بِعَذَابٍ ۖ وَقَدْ خَابَ مَنِ افْتَرَىٰ ﴿٦١﴾
فَتَنَازَعُوا أَمْرَهُمْ بَيْنَهُمْ وَأَسَرُّوا النَّجْوَىٰ ﴿٦٢﴾
قَالُوا إِنْ هَٰذَانِ لَسَاحِرَانِ يُرِيدَانِ أَنْ يُخْرِجَاكُمْ
مِنْ أَرْضِكُمْ بِسِحْرِهِمَا وَيَذْهَبَا بِطَرِيقَتِكُمُ الْمُثْلَىٰ ﴿٦٣﴾
فَأَجْمِعُوا كَيْدَكُمْ ثُمَّ ائْتُوا صَفًّا ۚ وَقَدْ أَفْلَحَ
الْيَوْمَ مَنِ اسْتَعْلَىٰ ﴿٦٤﴾
قَالُوا يَا مُوسَىٰ إِمَّا أَنْ تُلْقِيَ وَإِمَّا أَنْ نَكُونَ أَوَّلَ
مَنْ أَلْقَىٰ ﴿٦٥﴾
قَالَ بَلْ أَلْقُوا ۖ فَإِذَا حِبَالُهُمْ وَعِصِيُّهُمْ يُخَيَّلُ
إِلَيْهِ مِنْ سِحْرِهِمْ أَنَّهَا تَسْعَىٰ ﴿٦٦﴾
فَأَوْجَسَ فِي نَفْسِهِ خِيفَةً مُوسَىٰ ﴿٦٧﴾
قُلْنَا لَا تَخَفْ إِنَّكَ أَنْتَ الْأَعْلَىٰ ﴿٦٨﴾
وَأَلْقِ مَا فِي يَمِينِكَ تَلْقَفْ مَا صَنَعُوا ۖ إِنَّمَا صَنَعُوا
كَيْدُ سَاحِرٍ ۖ وَلَا يُفْلِحُ السَّاحِرُ حَيْثُ أَتَىٰ ﴿٦٩﴾
فَأُلْقِيَ السَّحَرَةُ سُجَّدًا قَالُوا آمَنَّا بِرَبِّ هَارُونَ
وَمُوسَىٰ ﴿٧٠﴾
قَالَ آمَنْتُمْ لَهُ قَبْلَ أَنْ آذَنَ لَكُمْ ۖ إِنَّهُ لَكَبِيرُكُمُ
الَّذِي عَلَّمَكُمُ السِّحْرَ ۖ فَلَأُقَطِّعَنَّ أَيْدِيَكُمْ وَ

ajn manojn kaj piedojn, kaj mi vere vin krucumigos al trunkoj de palmoj. Tiam vi ekscios, kiu el ni estas pli severa kaj persista je l' puno".

اَرْجُلَكُمْ مِّنْ خِلَافٍ وَّلَاُوصَلِّبَنَّكُمْ فِيْ جُذُوْعِ
النَّخْلِ وَلَتَعْلَمُنَّ اَيُّنَآ اَشَدُّ عَذَابًا وَّاَبْقٰى ﴿٧٢﴾

73. Ili diris: "Ni ne preferos vin al la evidentaj signoj, kiuj venis al ni, kaj al Tiu, kiu kreis nin, do ordonu, kion vi volas ordoni; certe tio, kion vi ordonas, validas nur por ĉi tiu vivo.

قَالُوْا لَنْ نُّؤْثِرَكَ عَلٰى مَا جَآءَنَا مِنَ الْبَيِّنٰتِ وَ
الَّذِيْ فَطَرَنَا فَاقْضِ مَآ اَنْتَ قَاضٍ اِنَّمَا تَقْضِيْ
هٰذِهِ الْحَيٰوةَ الدُّنْيَا ﴿٧٣﴾

74. Ni kredas je nia Sinjoro, por ke Li pardonu al ni niajn pekojn, kaj la magion, al kiu vi devigis nin. Allah estas plej bona, kaj plej firme persistas".

اِنَّآ اٰمَنَّا بِرَبِّنَا لِيَغْفِرَ لَنَا خَطٰيٰنَا وَمَآ اَكْرَهْتَنَا
عَلَيْهِ مِنَ السِّحْرِ وَاللّٰهُ خَيْرٌ وَّاَبْقٰى ﴿٧٤﴾

75. Vere tiu, kiu venas al sia Sinjoro en peko, por li vere estas la infero; en ĝi li nek mortos nek vivos.

اِنَّهٗ مَنْ يَّاْتِ رَبَّهٗ مُجْرِمًا فَاِنَّ لَهٗ جَهَنَّمَ لَا
يَمُوْتُ فِيْهَا وَلَا يَحْيٰى ﴿٧٥﴾

76. Tiuj tamen, kiuj venas al Li kredante, kiuj bonfaris, por ili estos la plej altaj rangoj –

وَمَنْ يَّاْتِهٖ مُؤْمِنًا قَدْ عَمِلَ الصّٰلِحٰتِ فَاُولٰٓئِكَ
لَهُمُ الدَّرَجٰتُ الْعُلٰى ﴿٧٦﴾

77. ĝardenoj de la eterneco, sub kiuj fluas riveroj; tie ili restos ĉiam. Tia estos la rekompenco por la puriĝintoj.

جَنّٰتُ عَدْنٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ
فِيْهَا وَذٰلِكَ جَزٰٓؤُا مَنْ تَزَكّٰى ﴿٧٧﴾

78. Vere Ni sendis al Moseo la revelacion: "Konduku Niajn servantojn kaj elbatu por ili sekan vojon tra la maro. Vi ne timos esti atingita kaj vi ne havos zorgojn".

وَلَقَدْ اَوْحَيْنَآ اِلٰى مُوْسٰٓى اَنْ اَسْرِ بِعِبَادِيْ فَاضْرِبْ
لَهُمْ طَرِيْقًا فِي الْبَحْرِ يَبَسًا لَّا تَخٰفُ دَرَكًا وَّلَا
تَخْشٰى ﴿٧٨﴾

79. Faraono tamen persekutis ilin kun siaj trupoj, sed la ondoj de la maro kovris ilin.

فَاَتْبَعَهُمْ فِرْعَوْنُ بِجُنُوْدِهٖ فَغَشِيَهُمْ مِّنَ الْيَمِّ
مَا غَشِيَهُمْ ﴿٧٩﴾

80. Faraono erarigis sian popolon anstataŭ gvidi ĝin.

وَاَضَلَّ فِرْعَوْنُ قَوْمَهٗ وَمَا هَدٰى ﴿٨٠﴾

81. "Ho idoj de Izrael, vere Ni savis vin de via malamiko, kaj Ni faris aliancon je la dekstra flanko de la monto, kaj Ni sendis al vi la manaon kaj la koturnojn.

يٰبَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ قَدْ اَنْجَيْنٰكُمْ مِّنْ عَدُوِّكُمْ وَ
وٰعَدْنٰكُمْ جَانِبَ الطُّوْرِ الْاَيْمَنَ وَنَزَّلْنَا عَلَيْكُمُ
الْمَنَّ وَالسَّلْوٰى ﴿٨١﴾

82. Manĝu la bonajn aĵojn, kiujn Ni donis al vi, tamen ne ekscesu, por ke Mia kolero ne venu sur vin; fakte tiu, kiun trafas Mia kolero, tiu falos.

كلوا من طيبت ما رزقنكم ولا تطغوا فيه فيحل
عليكم غضبي ومن يحلل عليه غضبي فقد
هوى (٨١)

83. Tamen vidu: Mi estas senkulpigema al tiu, kiu pentas kaj kredas kaj bonfaras kaj poste sekvas la gvidadon.

وإني لغفار لمن تاب وءامن وعمل صلحا ثم
اهتدى (٨٢)

84. Kio forpelis vin tiel rapide de via popolo, ho Moseo? ".

وما أعجلك عن قومك يموسى (٨٣)

85. Li respondis: "Ili sekvas min proksime kaj mi rapidas al Vi, mia Sinjoro, por ke Vi estu kontenta".

قال هم أولاء على أثري وعجلت إليك رب
لترضى (٨٤)

86. Dio diris: "Ni elprovis vian popolon dum via foresto, kaj Samiri erarigis ilin".

قال فإنا قد فتنا قومك من بعدك وأضلهم
السامري (٨٥)

87. Moseo do reiris al sia popolo, kolera kaj zorgoplena kaj diris: "Ho mia popolo! Ĉu via Sinjoro ne donis al vi belan promeson? Ĉu ŝajnis al vi tro longa la atendo, aŭ ĉu vi volas, ke la kolero de via Sinjoro venu sur vin, ĉar vi rompis vian promeson al mi? ".

فرجع موسى إلى قومه غضبن أسفا قال
يقوم ألم يعدكم ربكم وعدا حسنا أفطال
عليكم العهد أم أردتم أن يحل عليكم غضب
من ربكم فأخلفتم موعدي (٨٦)

88. Ili respondis: "Ni ne rompis libervole nian promeson al vi, sed ni estis ŝarĝitaj per la juveloj de la popolo. Ni ĵetis ilin en la fajron kaj same faris Samiri".

قالوا ما أخلفنا موعدك بملكنا ولكنا حملنا
أوزارا من زينة القوم فقذفنها فكذلك ألقى
السامري (٨٧)

89. Poste li formis por ili bovidon blekantan, bildon, kaj ili diris: "Tiu estas via Dio kaj la Dio de Moseo; li nur forgesis".

فأخرج لهم عجلا جسدا له خوار فقالوا هذا إلهكم
وإله موسى فنسي (٨٨)

90. Ĉu ili do ne vidis, ke ĝi ne donas al ili respondon, kaj ke ĝi ne havas la povon utili al ili nek malutili?

أفلا يرون ألا يرجع إليهم قولا ولا يملك لهم
ضرا ولا نفعا (٨٩)

91. Tamen Aaron antaŭe diris al ili: "Ho mia popolo! Per tio vi estis nur elprovitaj. Vere via Sinjoro estas la Donema, tial sekvu min kaj obeu mian ordonon".

ولقد قال لهم هرون من قبل يقوم إنما

92. Ili respondis: "Ni neniam ĉesos esti sindonaj al ĝi, ĝis revenos Moseo al ni".

93. Moseo diris: "Ho Aaron, kio malhelpis vin, kiam vi vidis ilin erari,

94. sekvi min? Ĉu vi malobeis mian ordonon? ".

95. Li respondis: "Ho filo de mia patrino! Ne ekkaptu mian barbon aŭ mian kapharaoron; mi timis, ke vi diros: "Vi estigis skismon inter la idoj de Izrael kaj vi ne atentis pri mia vorto".

96. Moseo diris: "Kion vi do havas por diri, ho Samiri? ".

97. Tiu respondis: "Mi ekvidis, kion ili ne ekvidis; mi akceptis nur malmulte el la instruo de la sendito, sed poste mi ankaŭ forigis ĝin de mi, ĉar tiel min devigis agi mia animo".

98. Moseo tiam diris: "Foriru! Vi devos diri dum via tuta vivo: "Ne tuŝu min! ". Tiam estas minaco de puno por vi, el kiu vi ne povos forflugi. Rigardu do vian "Dion", kies sindona adoranto vi fariĝis. Ni certe bruligos ĝin, poste ni disŝutos ĝin en la maron".

99. Vere via Dio estas Allah, krom kiu ne ekzistas Dio. Per Sia scio Li ĉirkaŭas ĉiujn aĵojn.

100. Tiel Ni rakontis al vi iujn historiojn pri tio, kio okazis, kaj Ni donis al vi admonon de Ni.

101. Kiu turnas sin for de ĝi, tiu vere portos ŝarĝon en la tago de la reviviĝo,

102. restante ĉiam en ĝi; peza estos por ili la ŝarĝo en la tago de la reviviĝo –

103. la tago, en kiu estos blovite en la trumpeton. En tiu tago Ni kunvenigos la kulpulojn, kaj ili estos blindaj.

فُتِنْتُمْ بِهِ ۚ وَإِنَّ رَبَّكُمُ الرَّحْمَٰنُ فَاتَّبِعُونِي وَأَطِيعُوا
أَمْرِي ﴿٩١﴾
قَالُوا لَنْ نَبْرَحَ عَلَيْهِ عَاكِفِينَ حَتَّىٰ يَرْجِعَ إِلَيْنَا
مُوسَىٰ ﴿٩٢﴾
قَالَ يَا هَارُونُ مَا مَنَعَكَ إِذْ رَأَيْتَهُمْ ضَلُّوا ﴿٩٣﴾
أَلَّا تَتَّبِعَنِ ۖ أَفَعَصَيْتَ أَمْرِي ﴿٩٤﴾
قَالَ يَا ابْنَ أُمَّ لَا تَأْخُذْ بِلِحْيَتِي وَلَا بِرَأْسِي ۖ إِنِّي
خَشِيتُ أَنْ تَقُولَ فَرَّقْتَ بَيْنَ بَنِي إِسْرَائِيلَ
وَلَمْ تَرْقُبْ قَوْلِي ﴿٩٥﴾
قَالَ فَمَا خَطْبُكَ يَا سَامِرِيُّ ﴿٩٦﴾
قَالَ بَصُرْتُ بِمَا لَمْ يَبْصُرُوا بِهِ فَقَبَضْتُ قَبْضَةً
مِنْ أَثَرِ الرَّسُولِ فَنَبَذْتُهَا وَكَذَٰلِكَ سَوَّلَتْ لِي نَفْسِي ﴿٩٧﴾
قَالَ فَاذْهَبْ فَإِنَّ لَكَ فِي الْحَيَاةِ أَنْ تَقُولَ لَا
مِسَاسَ ۖ وَإِنَّ لَكَ مَوْعِدًا لَنْ تُخْلَفَهُ ۖ وَانْظُرْ
إِلَىٰ إِلَٰهِكَ الَّذِي ظَلْتَ عَلَيْهِ عَاكِفًا ۖ لَنُحَرِّقَنَّهُ ثُمَّ
لَنَنْسِفَنَّهُ فِي الْيَمِّ نَسْفًا ﴿٩٨﴾
إِنَّمَا إِلَٰهُكُمُ اللَّهُ الَّذِي لَا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ ۚ وَسِعَ كُلَّ
شَيْءٍ عِلْمًا ﴿٩٩﴾
كَذَٰلِكَ نَقُصُّ عَلَيْكَ مِنْ أَنْبَاءِ مَا قَدْ سَبَقَ ۚ
وَقَدْ آتَيْنَاكَ مِنْ لَدُنَّا ذِكْرًا ﴿١٠٠﴾
مَنْ أَعْرَضَ عَنْهُ فَإِنَّهُ يَحْمِلُ يَوْمَ الْقِيَامَةِ وِزْرًا ﴿١٠١﴾
خَالِدِينَ فِيهِ ۖ وَسَاءَ لَهُمْ يَوْمَ الْقِيَامَةِ حِمْلًا ﴿١٠٢﴾

104. Ili flustros unu al la alia sekrete: "Vi restis nur dek tagojn".

105. Ni bone scias, kion ili diros. Tiam diros la plej pia el ili: "Nur unu tagon vi restis".

106. Ili demandos vin pri la montoj; diru: "Mia Sinjoro faros el ili polvon kaj dissŭtos ilin,

107. kaj Li postlasos ilin kiel platan ebenaĵon,

108. en kiu vi ne vidos altaĵon nek profundaĵon".

109. En tiu tago ili sekvos la vokanton, kiu ne faras eraron, kaj ĉiuj voĉoj mallaŭtiĝos antaŭ la Donema, kaj vi nenion aŭdos krom mallaŭtan paŝbrueton.

110. En tiu tago neniom utilos propeto krom de tiu, al kiu la Donema donos la permeson kaj kies vorto plaĉas al Li.

111. Li scias ĉion, kio estas antaŭ ili kaj post ili; ili tamen ne kapablas ĉirkaŭi ĝin per sia scio.

112. Ĉiuj vizaĝoj riverencos antaŭ la Vivanta, la Eterna, kaj Li certe pereigos tiun, kiu portas la ŝarĝon de la maljusteco.

113. Tiu tamen, kiu bonfaras kaj estas kredanto, ne timos la malbonecon nek la perdon.

114. Tiel Ni sendis ĝin kiel araban Koranon, kaj Ni klarigis en ĝi iujn admonojn, por ke ili respektegu Dion aŭ por ke ĝi estu por ili admono.

115. Eminenta Li estas, Allah, la vera reĝo! Ne trorapidu je la legado de la Korano, antaŭ ol vi estas ricevinta ĝian tutan revelacion, sed diru: "Ho mia Sinjoro, pliigu mian scion! ".

يَوْمَ يُنْفَخُ فِي الصُّورِ وَنَحْشُرُ الْمُجْرِمِينَ يَوْمَئِذٍ
زُرْقًا ﴿١٠٢﴾
يَتَخَافَتُونَ بَيْنَهُمْ إِنْ لَبِثْتُمْ إِلَّا عَشْرًا ﴿١٠٣﴾
نَحْنُ أَعْلَمُ بِمَا يَقُولُونَ إِذْ يَقُولُ أَمْثَلُهُمْ طَرِيقَةً
إِنْ لَبِثْتُمْ إِلَّا يَوْمًا ﴿١٠٤﴾ ع
وَيَسْأَلُونَكَ عَنِ الْجِبَالِ فَقُلْ يَنْسِفُهَا رَبِّي نَسْفًا ﴿١٠٥﴾
فَيَذَرُهَا قَاعًا صَفْصَفًا ﴿١٠٦﴾
لَا تَرَىٰ فِيهَا عِوَجًا وَلَا أَمْتًا ﴿١٠٧﴾
يَوْمَئِذٍ يَتَّبِعُونَ الدَّاعِيَ لَا عِوَجَ لَهُ ۚ وَخَشَعَتِ
الْأَصْوَاتُ لِلرَّحْمَٰنِ فَلَا تَسْمَعُ إِلَّا هَمْسًا ﴿١٠٨﴾
يَوْمَئِذٍ لَا تَنْفَعُ الشَّفَاعَةُ إِلَّا مَنْ أَذِنَ لَهُ
الرَّحْمَٰنُ وَرَضِيَ لَهُ قَوْلًا ﴿١٠٩﴾
يَعْلَمُ مَا بَيْنَ أَيْدِيهِمْ وَمَا خَلْفَهُمْ وَلَا
يُحِيطُونَ بِهِ عِلْمًا ﴿١١٠﴾
وَعَنَتِ الْوُجُوهُ لِلْحَيِّ الْقَيُّومِ ۖ وَقَدْ خَابَ مَنْ حَمَلَ
ظُلْمًا ﴿١١١﴾
وَمَنْ يَعْمَلْ مِنَ الصَّالِحَاتِ وَهُوَ مُؤْمِنٌ فَلَا يَخَافُ
ظُلْمًا وَلَا هَضْمًا ﴿١١٢﴾
وَكَذَٰلِكَ أَنْزَلْنَاهُ قُرْآنًا عَرَبِيًّا وَصَرَّفْنَا فِيهِ مِنَ
الْوَعِيدِ لَعَلَّهُمْ يَتَّقُونَ أَوْ يُحْدِثُ لَهُمْ ذِكْرًا ﴿١١٣﴾
فَتَعَالَى اللَّهُ الْمَلِكُ الْحَقُّ ۗ وَلَا تَعْجَلْ بِالْقُرْآنِ
مِنْ قَبْلِ أَنْ يُقْضَىٰ إِلَيْكَ وَحْيُهُ ۖ وَقُلْ رَبِّ زِدْنِي

116. Vere Ni antaŭe faris aliancon kun Adam, sed li forgesis; Ni tamen ne trovis en li malbonan intencon.

117. Kiam Ni diris al la anĝeloj: "Surgenuiĝu antaŭ Adam" ili surgenuiĝis krom Iblîs. Li rifuzis.

118. Tial Ni diris: "Ho Adam, tiu ĉi vere estas malamiko de vi kaj de via edzino. Li ne forpelu vin ambaŭ el la ĝardeno, por ke vi ne fariĝu malfeliĉaj.

119. Por vi estis provizite, por ke vi ne estu malsata en ĝi, nek nuda,

120. kaj por ke vi ne soifu en ĝi kaj ne suferu la varmegon de la suno".

121. Satano tamen flustris al li kaj diris: "Ho Adam, ĉu mi devas konduki vin al la arbo de la eterneco kaj al regno, kiu ne pereas? ".

122. Tiam ili ambaŭ manĝis el ĝi kaj ili fariĝis konsciaj pri sia nudeco, kaj ili komencis kolekti sur sin la foliojn de la ĝardeno, kaj Adam malobeis sian Sinjoron kaj Li fariĝis malfeliĉa.

123. Poste elektis lin lia Sinjoro, kaj Li turnis Sin al li kaj gvidis lin.

124. Li diris: "Eliru el ĉi tie ĉiuj! Vi estos malamikoj unu de la alia. Kiam venos al vi gvidado de Mi, tiu, kiu sekvos Mian gvidadon, ne eraros kaj ne fariĝos malfeliĉa.

125. Kiu tamen turnos sin for de Mia admono, tiu havos vivon malfeliĉan kaj Ni vekos lin blinda en la tago de la reviviĝo".

126. Tiu diros: "Kial Vi vekis min blinda, mia Sinjoro, kvankam mi antaŭe estis vidanta? ".

127. Li diros: "Same kiel venis al vi Miaj

عِلْمًا ﴿١١٤﴾
وَلَقَدْ عَهِدْنَآ إِلَىٰٓ ءَادَمَ مِن قَبْلُ فَنَسِىَ وَلَمْ نَجِدْ
ع ١٥ لَهُۥ عَزْمًا ﴿١١٥﴾
وَإِذْ قُلْنَا لِلْمَلَٰٓئِكَةِ ٱسْجُدُوا۟ لِءَادَمَ فَسَجَدُوٓا۟ إِلَّآ إِبْلِيسَ
أَبَىٰ ﴿١١٦﴾
فَقُلْنَا يَٰٓـَٔادَمُ إِنَّ هَٰذَا عَدُوٌّ لَّكَ وَلِزَوْجِكَ فَلَا
يُخْرِجَنَّكُمَا مِنَ ٱلْجَنَّةِ فَتَشْقَىٰٓ ﴿١١٧﴾
إِنَّ لَكَ أَلَّا تَجُوعَ فِيهَا وَلَا تَعْرَىٰ ﴿١١٨﴾
وَأَنَّكَ لَا تَظْمَؤُا۟ فِيهَا وَلَا تَضْحَىٰ ﴿١١٩﴾
فَوَسْوَسَ إِلَيْهِ ٱلشَّيْطَٰنُ قَالَ يَٰٓـَٔادَمُ هَلْ أَدُلُّكَ عَلَىٰ
شَجَرَةِ ٱلْخُلْدِ وَمُلْكٍ لَّا يَبْلَىٰ ﴿١٢٠﴾
فَأَكَلَا مِنْهَا فَبَدَتْ لَهُمَا سَوْءَٰتُهُمَا وَطَفِقَا يَخْصِفَانِ
عَلَيْهِمَا مِن وَرَقِ ٱلْجَنَّةِ ۚ وَعَصَىٰٓ ءَادَمُ رَبَّهُۥ فَغَوَىٰ ﴿١٢١﴾
ثُمَّ ٱجْتَبَٰهُ رَبُّهُۥ فَتَابَ عَلَيْهِ وَهَدَىٰ ﴿١٢٢﴾
قَالَ ٱهْبِطَا مِنْهَا جَمِيعًۢا ۖ بَعْضُكُمْ لِبَعْضٍ عَدُوٌّ ۖ فَإِمَّا
يَأْتِيَنَّكُم مِّنِّى هُدًى فَمَنِ ٱتَّبَعَ هُدَاىَ فَلَا
يَضِلُّ وَلَا يَشْقَىٰ ﴿١٢٣﴾
وَمَنْ أَعْرَضَ عَن ذِكْرِى فَإِنَّ لَهُۥ مَعِيشَةً ضَنكًا
وَنَحْشُرُهُۥ يَوْمَ ٱلْقِيَٰمَةِ أَعْمَىٰ ﴿١٢٤﴾
قَالَ رَبِّ لِمَ حَشَرْتَنِىٓ أَعْمَىٰ وَقَدْ كُنتُ بَصِيرًا ﴿١٢٥﴾
قَالَ كَذَٰلِكَ أَتَتْكَ ءَايَٰتُنَا فَنَسِيتَهَا ۖ وَكَذَٰلِكَ ٱلْيَوْمَ
تُنسَىٰ ﴿١٢٦﴾

signoj kaj vi ignoris ilin, tiel hodiaŭ vi estas ignorata".

128. Tiel Ni repagas ankaŭ tiun, kiu ekscesas kaj ne kredas al la signoj de sia Sinjoro, kaj vere la turmento en la vivo venonta estos severa kaj daŭra.

129. Ĉu ili ne komprenas, kiom da generacioj Ni pereigis antaŭ ili, en kies domoj ili nun estas? Vere en tio estas signoj por popolo prudenta.

130. Se ne estus antaŭe elparolita vorto de via Sinjoro, kaj fiksita tempolimo, la puno estus neevitebla.

131. Toleru do pacience, kion ili diras, kaj gloru vian Sinjoron antaŭ la sunleviĝo kaj antaŭ ĝia subiro kaj laŭdegu Lin en la horoj de la nokto kaj je la fino de la tago, por ke vi fariĝu feliĉa.

132. Ne direktu vian rigardon al tio, kion Ni donis al iuj el ili – la brilegon de ĉi tiu vivo – kiel ĝuadon por elprovi ilin. La provizo de via Sinjoro estas pli bona kaj daŭra.

133. Ordonu al via familio la preĝon kaj vi mem persistu en ĝi. Ni ne devigas vin provizi, Ni mem provizos por vi. La bona sukceso apartenas al la justeco.

134. Ili diris: "Kial li ne portas al ni signon de sia Sinjoro? ". Ĉu al ili do ne venis la pruvo evidenta pri tio, kio troviĝas en la antaŭaj Skriboj?

135. Se Ni ne estus neniiginta ilin antaŭ li per puno, ili certe estus dirintaj: "Ho nia Sinjoro, kial Vi ne sendis Vian senditon al ni, tiel ke ni estus povintaj sekvi Viajn revelaciojn, antaŭ ol ni humiliĝis kaj hontiĝis? ".

136. Diru: "Ĉiuj atendas, do ankaŭ vi atendu; tiam vi ekscios, kiuj estas la irantoj sur la ebena vojo, kaj kiuj estas la gvidatoj".

وَكَذَٰلِكَ نَجْزِي مَنْ أَسْرَفَ وَلَمْ يُؤْمِنْ بِآيَاتِ رَبِّهِ ۚ
وَلَعَذَابُ الْآخِرَةِ أَشَدُّ وَأَبْقَىٰ ﴿١٢٧﴾
أَفَلَمْ يَهْدِ لَهُمْ كَمْ أَهْلَكْنَا قَبْلَهُمْ مِنَ الْقُرُونِ
يَمْشُونَ فِي مَسَاكِنِهِمْ ۗ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِأُولِي
النُّهَىٰ ﴿١٢٨﴾
وَلَوْلَا كَلِمَةٌ سَبَقَتْ مِنْ رَبِّكَ لَكَانَ لِزَامًا وَأَجَلٌ
مُسَمًّى ﴿١٢٩﴾
فَاصْبِرْ عَلَىٰ مَا يَقُولُونَ وَسَبِّحْ بِحَمْدِ رَبِّكَ قَبْلَ
طُلُوعِ الشَّمْسِ وَقَبْلَ غُرُوبِهَا ۖ وَمِنْ آنَاءِ اللَّيْلِ
فَسَبِّحْ وَأَطْرَافَ النَّهَارِ لَعَلَّكَ تَرْضَىٰ ﴿١٣٠﴾
وَلَا تَمُدَّنَّ عَيْنَيْكَ إِلَىٰ مَا مَتَّعْنَا بِهِ أَزْوَاجًا مِنْهُمْ
زَهْرَةَ الْحَيَاةِ الدُّنْيَا لِنَفْتِنَهُمْ فِيهِ ۚ وَرِزْقُ رَبِّكَ
خَيْرٌ وَأَبْقَىٰ ﴿١٣١﴾
وَأْمُرْ أَهْلَكَ بِالصَّلَاةِ وَاصْطَبِرْ عَلَيْهَا ۖ لَا نَسْأَلُكَ
رِزْقًا ۖ نَحْنُ نَرْزُقُكَ ۗ وَالْعَاقِبَةُ لِلتَّقْوَىٰ ﴿١٣٢﴾
وَقَالُوا لَوْلَا يَأْتِينَا بِآيَةٍ مِنْ رَبِّهِ ۚ أَوَلَمْ تَأْتِهِمْ
بَيِّنَةُ مَا فِي الصُّحُفِ الْأُولَىٰ ﴿١٣٣﴾
وَلَوْ أَنَّا أَهْلَكْنَاهُمْ بِعَذَابٍ مِنْ قَبْلِهِ لَقَالُوا رَبَّنَا
لَوْلَا أَرْسَلْتَ إِلَيْنَا رَسُولًا فَنَتَّبِعَ آيَاتِكَ مِنْ قَبْلِ
أَنْ نَذِلَّ وَنَخْزَىٰ ﴿١٣٤﴾
قُلْ كُلٌّ مُتَرَبِّصٌ فَتَرَبَّصُوا ۖ فَسَتَعْلَمُونَ مَنْ أَصْحَابُ
الصِّرَاطِ السَّوِيِّ وَمَنِ اهْتَدَىٰ ﴿١٣٥﴾

* Fino de la 16-a parto



*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alproksimiĝas por la homoj ilia juĝo, tamen ili turnas sin for senzorge.

3. Ĉiun novan admonon, kiu venas al ili de ilia Sinjoro, ili aŭskultas mokante.

4. Iliaj koroj estas forgesemaj; ili interparolas sekrete – la malbonfarantoj –: "Cu ĉi tiu estas alio, ol homo kiel ni? Ĉu vi volas cedi al la efikoj de la magio, kvankam vi vidas, ke ĝi estas tia? ".

5. Li diris: "Mia Sonjoro bone scias ĉiun vorton diritan en la ĉielo kaj sur la tero. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia".

6. "Ne" ili diras "tio estas nur aro da konfuzaj sonĝoj; ne, li nur elpensis ĝin; ne, li estas nur poeto; li alportu al ni signon, kiel la antaŭaj profetoj, kiuj estis senditaj".

7. Antaŭ ili neniam kredis iu ajn urbo el tiuj, kiujn Ni detruis. Ĉu ili iam kredos?

8. Antaŭ vi Ni sendis nur virojn, al kiuj Ni donis la revelacion – vi demandu la popolon de la Admono, se vi mem ne scias –,

9. kaj Ni ne kreis ilin kun korpo, kiu ne bezonas manĝi, kaj ili ne vivis eterne.

10. Poste Ni plenumis la promeson al ili kaj Ni savis ilin kaj tiun, kiun Ni volis, kaj Ni neniigis la pekulojn.

11. Vere Ni sendis al vi Libron, en kiu estas admono por vi. Ĉu vi ne volas kompreni?

الجزء ١٧

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
اِقْتَرَبَ لِلنَّاسِ حِسَابُهُمْ وَهُمْ فِيْ غَفْلَةٍ
مُّعْرِضُوْنَ (٢)
مَا يَأْتِيْهِمْ مِّنْ ذِكْرٍ مِّنْ رَّبِّهِمْ مُّحْدَثٍ اِلَّا اسْتَمَعُوْهُ
وَهُمْ يَلْعَبُوْنَ (٣)
لَاهِيَةً قُلُوْبُهُمْ وَاَسَرُّوا النَّجْوَى الَّذِيْنَ ظَلَمُوْا
هَلْ هٰذَآ اِلَّا بَشَرٌ مِّثْلُكُمْ اَفَتَاْتُوْنَ السِّحْرَ وَاَنْتُمْ
تُبْصِرُوْنَ (٤)
قٰلَ رَبِّيْ يَعْلَمُ الْقَوْلَ فِي السَّمَآءِ وَالْاَرْضِ وَهُوَ
السَّمِيْعُ الْعَلِيْمُ (٥)
بَلْ قَالُوْٓا اَضْغَاثُ اَحْلَامٍ بَلِ افْتَرٰىهُ بَلْ هُوَ شَاعِرٌ
فَلْيَاْتِنَا بِاٰيَةٍ كَمَآ اُرْسِلَ الْاَوَّلُوْنَ (٦)
مَآ اٰمَنَتْ قَبْلَهُمْ مِّنْ قَرْيَةٍ اَهْلَكْنٰهَا اَفَهُمْ يُؤْمِنُوْنَ (٧)
وَمَآ اَرْسَلْنَا قَبْلَكَ اِلَّا رِجَالًا نُّوْحِيْٓ اِلَيْهِمْ فَسْـَٔلُوْٓا
اَهْلَ الذِّكْرِ اِنْ كُنْتُمْ لَا تَعْلَمُوْنَ (٨)
وَمَا جَعَلْنٰهُمْ جَسَدًا لَّا يَاْكُلُوْنَ الطَّعَامَ وَمَا
كَانُوْا خٰلِدِيْنَ (٩)
ثُمَّ صَدَقْنٰهُمُ الْوَعْدَ فَاَنْجَيْنٰهُمْ وَمَنْ نَّشَآءُ
وَاَهْلَكْنَا الْمُسْرِفِيْنَ (١٠)

---

12. Kiom da urboj, kiuj malbonfaris, Ni detruis kaj Ni vekis post ili alian popolon anstataŭe!

13. Kiam ili sentis Nian koleron alproksimiĝi, jen! ili fuĝis el la urboj.

14. Ne fuĝu, sed revenu al tio, kion vi ĝuis, kaj al viaj loĝejoj, por esti demanditaj.

15. Ili diris: "Ho vé al ni! Vere ni estis malpieguloj! ".

16. Tiu ĉi ilia alvoko ne ĉesis, ĝis Ni falĉis ilin, farante ilin cindro.

17. Ne por ludi Ni kreis la ĉielon kaj la teron kaj tion, kio estas inter ili ambaŭ.

18. Se Ni estus volinta havi amuzaĵon, Ni povus havi ĝin ĉe Ni, se Ni estus volinta.

19. Ne! Ni ĵetas la veron kontraŭ la mensogon por neniigi ĝin, kaj jen tiu malaperas. Ve al vi pro tio, kion vi diras!

20. Al Li apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Kiu estas ĉe Li, ne estas tro fierega por servi Lin, kaj li ne laciĝas.

21. Ili laŭdegas Lin nokte kaj tage. Ili ne ĉesas.

22. Ĉu ili prenis al si el la tero Diojn, kiuj povas revivigi?

23. Se ekzistus Dioj krom Allah en la ĉielo kaj sur la tero, tiuj ambaŭ certe ruiniĝus. Sankta do estas Allah, la Sinjoro de la Trono, eminenta super tio, kion ili asertas!

24. Oni ne povas demandi Lin pri tio, kion Li faras, ilin tamen oni demandos.

25. Ĉu ili prenis al si Diojn krom Lin? Diru: "Alportu vian pruvon. Ĉi tio estas admono por tiuj, kiuj estis kun mi, kaj admono por

ع لَقَدْ أَنْزَلْنَآ إِلَيْكُمْ كِتٰبًا فِيهِ ذِكْرُكُمْ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ﴿١١﴾
وَكَمْ قَصَمْنَا مِنْ قَرْيَةٍ كَانَتْ ظَالِمَةً وَّأَنْشَأْنَا
بَعْدَهَا قَوْمًا آخَرِينَ ﴿١٢﴾
فَلَمَّآ أَحَسُّوا بَأْسَنَآ إِذَا هُمْ مِّنْهَا يَرْكُضُونَ ﴿١٣﴾
لَا تَرْكُضُوا وَارْجِعُوٓا إِلٰى مَآ أُتْرِفْتُمْ فِيهِ وَمَسٰكِنِكُمْ
لَعَلَّكُمْ تُسْـَٔلُونَ ﴿١٤﴾
قَالُوا يٰوَيْلَنَآ إِنَّا كُنَّا ظٰلِمِينَ ﴿١٥﴾
فَمَا زَالَتْ تِّلْكَ دَعْوٰىهُمْ حَتّٰى جَعَلْنٰهُمْ حَصِيدًا
خٰمِدِينَ ﴿١٦﴾
وَمَا خَلَقْنَا السَّمَآءَ وَالْأَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَا لٰعِبِينَ ﴿١٧﴾
لَوْ أَرَدْنَآ أَنْ نَّتَّخِذَ لَهْوًا لَّاتَّخَذْنٰهُ مِنْ لَّدُنَّآ
إِنْ كُنَّا فٰعِلِينَ ﴿١٨﴾
بَلْ نَقْذِفُ بِالْحَقِّ عَلَى الْبٰطِلِ فَيَدْمَغُهُ فَإِذَا
هُوَ زَاهِقٌ وَلَكُمُ الْوَيْلُ مِمَّا تَصِفُونَ ﴿١٩﴾
وَلَهُ مَنْ فِي السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ وَمَنْ عِنْدَهُ
لَا يَسْتَكْبِرُونَ عَنْ عِبَادَتِهِ وَلَا يَسْتَحْسِرُونَ ﴿٢٠﴾
يُسَبِّحُونَ الَّيْلَ وَالنَّهَارَ لَا يَفْتُرُونَ ﴿٢١﴾
أَمِ اتَّخَذُوٓا آلِهَةً مِّنَ الْأَرْضِ هُمْ يُنْشِرُونَ ﴿٢٢﴾
لَوْ كَانَ فِيهِمَآ آلِهَةٌ إِلَّا اللّٰهُ لَفَسَدَتَا فَسُبْحٰنَ اللّٰهِ
رَبِّ الْعَرْشِ عَمَّا يَصِفُونَ ﴿٢٣﴾
لَا يُسْـَٔلُ عَمَّا يَفْعَلُ وَهُمْ يُسْـَٔلُونَ ﴿٢٤﴾
أَمِ اتَّخَذُوا مِنْ دُونِهِٓ آلِهَةً قُلْ هَاتُوا بُرْهَانَكُمْ

tiuj, kiuj estis antaŭ mi". Ne, la plej multaj el ili ne scias la veron, tial ili turnas sin for.

26. Al ĉiuj senditoj, kiujn Ni sendis antaŭ vi, Ni revelaciis, ke ne ekzistas alia Dio ol Mi, do adoru nur Min.

27. Ili diras: "La Donema prenis al Si filon". Sankta Li estas! Ne! Ili estas nur honorigitaj servantoj.

28. Ili ne elparolas antaŭ Li eĉ unu vorton, kaj ili agas nur laŭ Lia ordono.

29. Li scias, kio estas antaŭ ili kaj malantaŭ ili, kaj ili prezentas nur propeton por tiu, kiu estas agrabla al Li, kaj ili tremas pro timo antaŭ Li.

30. Tiun el ili, kiu volus diri: "Mi estas Dio apud Li", Ni repagos per la Infero. Tiel Ni repagas la malpiegulojn.

31. Ĉu ne vidis la miskredantoj, ke la ĉieloj kaj la tero estis unu maso, kaj ke Ni poste disigis ilin? Ni poste kreis el la akvo ĉiun estaĵon vivantan. Ĉu ili ne volas kredi?

32. Sur la tero Ni kreis montojn firmajn, por ke ĝi ne skuiĝu kun ili, kaj Ni kreis sur ĝi larĝajn vojojn, por ke ili estu gvidataj,

33. kaj Ni faris la ĉielon sekura tegmento. Ili tamen turnas sin for de ĝiaj signoj.

34. Estas Li Tiu, kiu kreis la nokton kaj la tagon kaj la sunon kaj la lunon. Ĉiu el ili ambaŭ ŝvebas en sia sfero.

35. Antaŭ vi Ni ne donis al iu ajn homo eternan vivon. Tiel, se vi devas morti, ĉu ili povus vivi eterne?

36. Ĉiu homo devas gustumi la morton. Tial Ni elprovas vin per la malbono kaj per la bono kiel provo; kaj al Ni vi revenos.

هٰذَا ذِكْرُ مَنْ مَّعِيَ وَذِكْرُ مَنْ قَبْلِيْ بَلْ اَكْثَرُهُمْ
لَا يَعْلَمُوْنَ الْحَقَّ فَهُمْ مُّعْرِضُوْنَ ﴿٢٥﴾
وَمَآ اَرْسَلْنَا مِنْ قَبْلِكَ مِنْ رَّسُوْلٍ اِلَّا نُوْحِيْٓ اِلَيْهِ
اَنَّهٗ لَآ اِلٰهَ اِلَّآ اَنَا فَاعْبُدُوْنِ ﴿٢٦﴾
وَقَالُوا اتَّخَذَ الرَّحْمٰنُ وَلَدًا سُبْحٰنَهٗ بَلْ عِبَادٌ
مُّكْرَمُوْنَ ﴿٢٧﴾
لَا يَسْبِقُوْنَهٗ بِالْقَوْلِ وَهُمْ بِاَمْرِهٖ يَعْمَلُوْنَ ﴿٢٨﴾
يَعْلَمُ مَا بَيْنَ اَيْدِيْهِمْ وَمَا خَلْفَهُمْ وَلَا يَشْفَعُوْنَ
اِلَّا لِمَنِ ارْتَضٰى وَهُمْ مِّنْ خَشْيَتِهٖ مُشْفِقُوْنَ ﴿٢٩﴾
وَمَنْ يَّقُلْ مِنْهُمْ اِنِّيْٓ اِلٰهٌ مِّنْ دُوْنِهٖ فَذٰلِكَ نَجْزِيْهِ
جَهَنَّمَ كَذٰلِكَ نَجْزِي الظّٰلِمِيْنَ ﴿٣٠﴾ ع ٢
اَوَلَمْ يَرَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اَنَّ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ كَانَتَا
رَتْقًا فَفَتَقْنٰهُمَا وَجَعَلْنَا مِنَ الْمَآءِ كُلَّ شَيْءٍ حَيٍّ
اَفَلَا يُؤْمِنُوْنَ ﴿٣١﴾
وَجَعَلْنَا فِي الْاَرْضِ رَوَاسِيَ اَنْ تَمِيْدَ بِهِمْ وَجَعَلْنَا
فِيْهَا فِجَاجًا سُبُلًا لَّعَلَّهُمْ يَهْتَدُوْنَ ﴿٣٢﴾
وَجَعَلْنَا السَّمَآءَ سَقْفًا مَّحْفُوْظًا وَّهُمْ عَنْ
اٰيٰتِهَا مُعْرِضُوْنَ ﴿٣٣﴾
وَهُوَ الَّذِيْ خَلَقَ الَّيْلَ وَالنَّهَارَ وَالشَّمْسَ وَ
الْقَمَرَ كُلٌّ فِيْ فَلَكٍ يَّسْبَحُوْنَ ﴿٣٤﴾
وَمَا جَعَلْنَا لِبَشَرٍ مِّنْ قَبْلِكَ الْخُلْدَ اَفَا۟ئِنْ مِّتَّ
فَهُمُ الْخٰلِدُوْنَ ﴿٣٥﴾

37. Kiam la miskredantoj vidas vin, ili nur mokas vin: "Ĉu estas ĉi tiu, kiu mencias malŝate viajn Diojn? ". Estas ili tiuj, kiuj evitas mencii la Doneman.

كُلُّ نَفْسٍ ذَآئِقَةُ الْمَوْتِ ۗ وَنَبْلُوكُمْ بِالشَّرِّ وَ
الْخَيْرِ فِتْنَةً ۗ وَإِلَيْنَا تُرْجَعُونَ ﴿٣٦﴾

38. La homo konsistas el malpacienco. Mi montros al vi Miajn signojn, sed ne petu Min rapidi.

وَإِذَا رَاٰكَ الَّذِينَ كَفَرُوٓا إِنْ يَّتَّخِذُونَكَ إِلَّا هُزُوًا ۗ
أَهٰذَا الَّذِي يَذْكُرُ اٰلِهَتَكُمْ ۚ وَهُمْ بِذِكْرِ الرَّحْمٰنِ
هُمْ كٰفِرُونَ ﴿٣٧﴾

39. Ili diras: "Kiam plenumiĝos ĉi tiu promeso, se vi estas sinceraj? ".

خُلِقَ الْإِنْسَانُ مِنْ عَجَلٍ ۗ سَاُورِيكُمْ اٰيٰتِي فَلَا
تَسْتَعْجِلُونِ ﴿٣٨﴾

40. Se la miskredantoj nur scius la tempon, en kiu ili ne kapablos forpuŝi la fajron de siaj vizaĝoj kaj de siaj dorsoj! Nenia helpo estos por ili!

وَيَقُولُونَ مَتٰى هٰذَا الْوَعْدُ إِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِينَ ﴿٣٩﴾

41. Ne! Ĝi venos sur ilin neatendite kaj ĝi konfuzos ilin, kaj ili ne kapablos malproksimigi ĝin, kaj al ili ne estos konsentita prokrasto.

لَوْ يَعْلَمُ الَّذِينَ كَفَرُوا حِينَ لَا يَكُفُّونَ عَنْ وُّجُوهِهِمُ
النَّارَ وَلَا عَنْ ظُهُورِهِمْ وَلَا هُمْ يُنْصَرُونَ ﴿٤٠﴾

42. Vere estis mokataj antaŭ vi ankaŭ aliaj Senditoj. Poste tamen trafis la mokintojn el inter ili, tio mem, kion ili mokis.

بَلْ تَأْتِيهِمْ بَغْتَةً فَتَبْهَتُهُمْ فَلَا يَسْتَطِيعُونَ رَدَّهَا
وَلَا هُمْ يُنْظَرُونَ ﴿٤١﴾
وَلَقَدِ اسْتُهْزِئَ بِرُسُلٍ مِّنْ قَبْلِكَ فَحَاقَ بِالَّذِينَ
سَخِرُوا مِنْهُمْ مَّا كَانُوا بِهِ يَسْتَهْزِءُونَ ﴿٤٢﴾ ع

43. Diru: "Kiu defendos vin nokte kaj tage kontraŭ la Donema? ". Jen! Ili turnas sin for de la admono de sia Sinjoro!

قُلْ مَنْ يَّكْلَؤُكُمْ بِالَّيْلِ وَالنَّهَارِ مِنَ الرَّحْمٰنِ ۗ
بَلْ هُمْ عَنْ ذِكْرِ رَبِّهِمْ مُّعْرِضُونَ ﴿٤٣﴾

44. Ĉu ili havas Diojn, kiuj povas defendi ilin kontraŭ Ni? Ili ne kapablas defendi sin mem, kaj ili ne povas esti helpataj kontraŭ Ni.

أَمْ لَهُمْ اٰلِهَةٌ تَمْنَعُهُمْ مِّنْ دُونِنَا ۗ لَا يَسْتَطِيعُونَ
نَصْرَ أَنْفُسِهِمْ وَلَا هُمْ مِّنَّا يُصْحَبُونَ ﴿٤٤﴾

45. Ne! Ni lasis vivi ilin kaj iliajn patrojn, ĝis la vivo fariĝis por ili tro longa. Ĉu ili ne vidas, ke Ni venas en la landon kaj mallarĝigas ĝiajn finojn? Ĉu ili do povas venki?

بَلْ مَتَّعْنَا هٰٓؤُلَآءِ وَاٰبَآءَهُمْ حَتّٰى طَالَ عَلَيْهِمُ
الْعُمُرُ ۗ أَفَلَا يَرَوْنَ أَنَّا نَأْتِي الْأَرْضَ نَنْقُصُهَا
مِنْ أَطْرَافِهَا ۗ أَفَهُمُ الْغٰلِبُونَ ﴿٤٥﴾

46. Diru: "Vere mi admonas vin per la revelacio". La surduloj tamen ne aŭdas la vokon, kiam ili estas admonataj.

قُلْ إِنَّمَآ أُنْذِرُكُمْ بِالْوَحْيِ ۖ وَلَا يَسْمَعُ الصُّمُّ

47. Kiam tuŝas ilin bloveto el la puno de via Sinjoro, ili certe diras: "Ho ve al ni, ni vere estis malpieguloj! ".

48. Ni starigos pesilojn de justeco en la tago de la releviĝo, por ke neniu animo suferu maljustecon, eĉ ne la pezon de sinapa semeto. Ni evidentigos ĝin. Kaj Ni sufiĉas kiel Pesanto.

49. Ni donis la ekkonigilon al Moseo kaj al Aaron, kaj la lumon kaj la admonon por la justuloj,

50. por tiuj, kiuj respektegas sekrete sian Sinjoron kaj timegas la Horon.

51. Tio ĉi estas admono, plena je benoj, kiun Ni sendis. Ĉu vi nun volas rifuzi ĝin?

52. Antaŭ vi Ni vere donis al Abraham lian gvidilon, ĉar Ni bone konis lin.

53. Kiam li diris al sia patro kaj al sia gento: "Kio estas tiuj bildoj, al kiuj vi estas tiel sindonaj? ".

54. Ili respondis: "Vere ni trovis niajn patrojn adorantaj ilin".

55. Li diris: "Certe vi mem kaj viaj patroj troviĝas en eraro evidenta".

56. Ili diris: "Ĉu vi venas al ni kun la vero, aŭ ĉu vi ŝercas? ".

57. Li respondis: "Ne! Via Sinjoro estas la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero, kiu kreis ilin. Mi tamen nur estas unu el la atestantoj pri tio,

58. kaj – per Allah! – mi elpensos ion kontraŭ viaj idoloj, kiam vi turnos vin kaj foriros".

الدعاء إذا ما ينذرون ﴿٤٦﴾
ولئن مستهم نفحة من عذاب ربك ليقولن
يا ويلنا إنا كنا ظالمين ﴿٤٧﴾
ونضع الموازين القسط ليوم القيامة فلا تظلم
نفس شيئا وإن كان مثقال حبة من خردل
أتينا بها وكفى بنا حاسبين ﴿٤٨﴾
ولقد آتينا موسى وهارون الفرقان وضياء
وذكرا للمتقين ﴿٤٩﴾
الذين يخشون ربهم بالغيب وهم من الساعة
مشفقون ﴿٥٠﴾
وهذا ذكر مبارك أنزلناه أفأنتم له منكرون ﴿٥١﴾ ع
ولقد آتينا إبراهيم رشده من قبل وكنا
به عالمين ﴿٥٢﴾
إذ قال لأبيه وقومه ما هذه التماثيل التي
أنتم لها عاكفون ﴿٥٣﴾
قالوا وجدنا آباءنا لها عابدين ﴿٥٤﴾
قال لقد كنتم أنتم وآباؤكم في ضلال مبين ﴿٥٥﴾
قالوا أجئتنا بالحق أم أنت من اللاعبين ﴿٥٦﴾
قال بل ربكم رب السماوات والأرض الذي
فطرهن وأنا على ذلكم من الشاهدين ﴿٥٧﴾
وتالله لأكيدن أصنامكم بعد أن تولوا
مدبرين ﴿٥٨﴾

59. Li rompis ilin en pecojn, krom la plej granda el ili, por ke ili povu turni sin al ĝi.

فجعلهم جذاذا إلا كبيرا لهم لعلهم إليه يرجعون ﴿٥٨﴾

60. Ili demandis: "Kiu faris tion al niaj Dioj? Tiu certe estas malpiegulo! ".

قالوا من فعل هذا بآلهتنا إنه لمن الظالمين ﴿٥٩﴾

61. Ili diris: "Ni aŭdis junulon paroli malbone pri ili; li estas nomata Abraham".

قالوا سمعنا فتى يذكرهم يقال له إبراهيم ﴿٦٠﴾

62. Ili diris: "Konduku lin antaŭ la okulojn de la popolo, por ke oni juĝu".

قالوا فأتوا به على أعين الناس لعلهم يشهدون ﴿٦١﴾

63. Ili demandis: "Ĉu estas vi tiu, kiu faris tion al niaj Dioj, ho Abraham? ".

قالوا أأنت فعلت هذا بآلهتنا يا إبراهيم ﴿٦٢﴾

64. Li respondis: "Jen! Iu faris tion. Ĉi tie estas la plej granda el ili. Demandu ilin, se ili povas paroli".

قال بل فعله كبيرهم هذا فاسألوهم إن
كانوا ينطقون ﴿٦٣﴾

65. Ili tiam ekvidis sian eraron kaj diris inter si mem: "Vi vere estas la malpieguloj! ".

فرجعوا إلى أنفسهم فقالوا إنكم أنتم الظالمون ﴿٦٤﴾

66. Poste ili mallevis siajn kapojn pro honto: "Vi bone scias, ke tiuj ne kapablas paroli! ".

ثم نكسوا على رءوسهم لقد علمت ما هؤلاء
ينطقون ﴿٦٥﴾

67. Li respondis: "Ĉu vi do adoras anstataŭ Allahon tion, kio neniom povas utili al vi, nek povas malutili al vi?

قال أفتعبدون من دون الله ما لا ينفعكم
شيئا ولا يضركم ﴿٦٦﴾

68. Fi al vi kaj al tio, kion vi adoras anstataŭ Allahon! Ĉu vi do ne volas kompreni? ".

أف لكم ولما تعبدون من دون الله أفلا
تعقلون ﴿٦٧﴾

69. Ili diris: "Bruligu lin kaj helpu viajn Diojn, se vi volas fari ion utilan".

قالوا حرقوه وانصروا آلهتكم إن كنتم فاعلين ﴿٦٨﴾

70. Ni tiam diris: "Ho fajro, estu malvarma kaj estu savilo por Abraham! ".

قلنا يا نار كوني بردا وسلاما على إبراهيم ﴿٦٩﴾

71. Kaj ili provis suferigi lin, sed Ni faris ilin perdantoj,

وأرادوا به كيدا فجعلناهم الأخسرين ﴿٧٠﴾

72. kaj Ni savis lin kaj Loton al la lando, kiun Ni benis por ĉiuj gentoj,

ونجيناه ولوطا إلى الأرض التي باركنا فيها
للعالمين ﴿٧١﴾

73. kaj Ni donis al li Isaakon, kaj kiel nepon Jakobon, kaj Ni faris ilin ĉiujn justuloj,

ووهبنا له إسحاق ويعقوب نافلة ۖ وكلا
جعلنا صالحين ﴿٧٢﴾

74. kaj Ni faris ilin estroj, por ke ili gvidu

وجعلناهم أئمة يهدون بأمرنا وأوحينا

laŭ Nia ordono, kaj Ni sendis al ili la revelacion, ke ili agu bone kaj levu la preĝon kaj donu almozojn kaj adoru nur Nin;

إِلَيْهِمْ فِعْلَ الْخَيْرٰتِ وَإِقَامَ الصَّلٰوةِ وَإِيتَآءَ
الزَّكٰوةِ ۚ وَكَانُوا لَنَا عٰبِدِينَ ﴿٧٤﴾

75. kaj Ni donis al Lot la saĝon kaj la scion, kaj Ni savis lin el la urbo, kiu plenumis hontindaĵojn. Vere ili estis popolo malpiega kaj ribelema;

وَلُوطًا ءَاتَيْنٰهُ حُكْمًا وَعِلْمًا وَنَجَّيْنٰهُ مِنَ الْقَرْيَةِ
الَّتِى كَانَت تَّعْمَلُ الْخَبٰٓئِثَ ۗ إِنَّهُمْ كَانُوا قَوْمَ سَوْءٍ
فٰسِقِينَ ﴿٧٥﴾

76. kaj Ni igis lin eniri en Nian gracon, ĉar vere li estis justulo.

وَأَدْخَلْنٰهُ فِى رَحْمَتِنَآ ۖ إِنَّهُۥ مِنَ الصّٰلِحِينَ ﴿٧٦﴾

77. Memoru Noan, kiu antaŭe vokis Nin. Ni aŭdis kaj savis lin kaj lian genton el granda malfeliĉo,

وَنُوحًا إِذْ نَادٰى مِن قَبْلُ فَاسْتَجَبْنَا لَهُۥ فَنَجَّيْنٰهُ
وَأَهْلَهُۥ مِنَ الْكَرْبِ الْعَظِيمِ ﴿٧٧﴾

78. kaj Ni helpis lin kontraŭ la popolo, kiu rifuzis Nian revelacion; vere ili estis popolo malpiega, kaj Ni dronigis ilin ĉiujn.

وَنَصَرْنٰهُ مِنَ الْقَوْمِ الَّذِينَ كَذَّبُوا بِـَٔايٰتِنَآ ۚ
إِنَّهُمْ كَانُوا قَوْمَ سَوْءٍ فَأَغْرَقْنٰهُمْ أَجْمَعِينَ ﴿٧٨﴾

79. Memoru Davidon kaj Salomonon, kiam ili juĝis pri la kampo, en kiun vagadis nokte la ŝafoj de iu gento; kaj Ni estis atestanto ĉe ilia juĝo.

وَدَاوُۥدَ وَسُلَيْمٰنَ إِذْ يَحْكُمَانِ فِى الْحَرْثِ إِذْ
نَفَشَتْ فِيهِ غَنَمُ الْقَوْمِ ۚ وَكُنَّا لِحُكْمِهِمْ شٰهِدِينَ ﴿٧٩﴾

80. Ni komprenigis ĝin al Salomono, kaj al ĉiu el ili Ni donis saĝon kaj scion, kaj Ni igis la montojn kaj la birdojn servadi, gloregi Dion kun David. Ni tion faris,

فَفَهَّمْنٰهَا سُلَيْمٰنَ ۚ وَكُلًّا ءَاتَيْنَا حُكْمًا وَعِلْمًا ۚ وَ
سَخَّرْنَا مَعَ دَاوُۥدَ الْجِبَالَ يُسَبِّحْنَ وَالطَّيْرَ ۚ وَكُنَّا
فٰعِلِينَ ﴿٨٠﴾

81. kaj Ni instruis al li elfari maŝkirasojn por vi, por ke tiuj defendu vin en viaj militoj. Ĉu vi ne volas esti dankaj?

وَعَلَّمْنٰهُ صَنْعَةَ لَبُوسٍ لَّكُمْ لِتُحْصِنَكُم مِّنۢ
بَأْسِكُمْ ۖ فَهَلْ أَنتُمْ شٰكِرُونَ ﴿٨١﴾

82. Kaj Ni servutigis al Salomono la ventegon, kiu blovis laŭ lia ordono en la landon, kiun Ni benis. Ni ja bone konas ĉiujn aĵojn;

وَلِسُلَيْمٰنَ الرِّيحَ عَاصِفَةً تَجْرِى بِأَمْرِهِۦٓ إِلَى
الْأَرْضِ الَّتِى بٰرَكْنَا فِيهَا ۚ وَكُنَّا بِكُلِّ شَىْءٍ
عٰلِمِينَ ﴿٨٢﴾

83. kaj Ni servutigis al li la Satanojn, kiuj plonĝis por li kaj faris ankaŭ aliajn taskojn; Ni mem gardis ilin.

وَمِنَ الشَّيٰطِينِ مَن يَغُوصُونَ لَهُۥ وَيَعْمَلُونَ
عَمَلًا دُونَ ذٰلِكَ ۖ وَكُنَّا لَهُمْ حٰفِظِينَ ﴿٨٣﴾

84. Memoru Ijobon, kiam li vokis sian Sinjoron: ”Vere min trafis malfeliĉo, sed Vi estas la plej kompatema el la kompatemuloj”.

85. Ni plenumis lian peton kaj Ni forprenis de li la malfeliĉon kaj Ni redonis al li lian familion kaj ankoraŭfoje la samon, kiel gracon de Ni kaj kiel admonon por la adorantoj.

86. Memoru Iŝmaelon kaj Idrison kaj Zul-Kifl (Jeĥezkelon). Ili ĉiuj estis persistemuloj.

87. Ni lasis ilin ĉiujn eniri Nian gracon, ĉar ili estis justuloj.

88. Memoru Zul-Nun (Jonaon) kiam li foriris kolere kaj certe opiniis, ke Ni neniam afliktos lin, kaj li vokis en la mallumego: "Ne ekzistas alia Dio ol Vi! Sankta estas Vi! Vere mi estis malpiegulo! ".

89. Tiam Ni plenumis lian peton kaj Ni savis lin de la aflikto; tiel Ni savis la kredantojn.

90. Memoru Zeĥarjan, kiam li vokis sian Sinjoron: "Mia Sinjoro, ne lasu min sen idoj! Vi tamen estas la plej bona Heredanto".

91. Ni plenumis tiam lian peton kaj Ni donis al li Jahjan kaj Ni resanigis por li lian edzinon. Vere ili konkuris pri la bonaj agoj, kaj ili vokis Nin esperante kaj timegante, kaj ili estis humilaj antaŭ Ni.

92. Memoru tiun virinon, kiu gardis sian ĉastecon – Ni blovis en ŝin iom da Nia spirito kaj Ni faris ŝin kaj ŝian filon signo por ĉiuj popoloj.

93. Ĉi tiu via religio estas la ununura religio kaj Mi estas via Sinjoro, do adoru Min.

94. Ili tamen malkonsentis reciproke pri siaj aferoj; ĉiuj revenos al Ni.

وايوب اذ نادى ربه اني مسني الضر وانت ارحم الرحمين ﴿٨٤﴾

فاستجبنا له فكشفنا ما به من ضر واتينه اهله ومثلهم معهم رحمة من عندنا وذكرى للعبدين ﴿٨٥﴾

واسمعيل وادريس وذا الكفل كل من الصبرين ﴿٨٦﴾

وادخلنهم في رحمتنا انهم من الصلحين ﴿٨٧﴾

وذا النون اذ ذهب مغاضبا فظن ان لن نقدر عليه فنادى في الظلمت ان لا اله الا انت سبحنك اني كنت من الظلمين ﴿٨٨﴾

فاستجبنا له ونجينه من الغم وكذلك نـجي المؤمنين ﴿٨٩﴾

وزكريا اذ نادى ربه رب لا تذرني فردا وانت خير الورثين ﴿٩٠﴾

فاستجبنا له ووهبنا له يحيى واصلحنا له زوجه انهم كانوا يسرعون في الخيرت ويدعوننا رغبا ورهبا وكانوا لنا خشعين ﴿٩١﴾

والتي احصنت فرجها فنفخنا فيها من روحنا وجعلنها وابنها اية للعلمين ﴿٩٢﴾

ان هذه امتكم امة واحدة وانا ربكم فاعبدون ﴿٩٣﴾

95. Kiu do bonfaras kaj estas kredanto, liaj klopodoj ne restos nerekompencitaj; Ni certe registras tion.

96. Estas nenuligebla la dekreto super urbo, kiun Ni detruis, ke ili ne revenos,

97. antaŭ ol liberiĝos Gog kaj Magog, kaj ili alkuregos el ĉiuj altaĵoj.

98. Alproksimiĝas la vera promeso; tiam, jen, fiksiĝos la rigardo de la miskredantoj: "Ho ve al ni! Ni vere nezorgis pri tio; ja, ni estis malpieguloj! ".

99. Vere vi, kaj tio, kion vi adoris anstataŭ Allahon, estas brulaĵo por la infero. Tien vi estos kunvenigitaj.

100. Se ĉi tiuj estus Dioj, ili ne estus irintaj tien; ili ĉiuj restos en ĝi por ĉiam.

101. En ĝi estos ilia destino ploregi, kaj en ĝi ili ne aŭdos.

102. Tiuj tamen, al kiuj iris la promeso de belega rekompenco, estos malproksimaj de ĝi.

103. Ili ne aŭdos eĉ la plej mallaŭtan sonon el ĝi, dum ili restos eterne en tio, kion iliaj animoj deziregis.

104. Ilin ne ĉagrenos la granda teruro, kaj ilin renkontos la anĝeloj: "Tiu ĉi estas via Tago, kiu estis promesita al vi".

105. En la tago, en kiu Ni kunrulos la ĉielojn kiel kunruliĝas la skribvolvaĵoj. Kiel Ni komencis la unuan kreon, Ni renovigos ĝin. Deviga estas por Ni la promeso: vere Ni plenumos ĝin.

106. Vere Ni jam skribis en la Psalmoj, post la admono, ke Miaj justaj servantoj heredos la landon.

وَتَقَطَّعُوٓا أَمْرَهُم بَيْنَهُمْ ۖ كُلٌّ إِلَيْنَا رٰجِعُونَ ﴿٩٤﴾
فَمَن يَعْمَلْ مِنَ الصّٰلِحٰتِ وَهُوَ مُؤْمِنٌ فَلَا
كُفْرَانَ لِسَعْيِهِۦ وَإِنَّا لَهُۥ كٰتِبُونَ ﴿٩٥﴾
وَحَرٰمٌ عَلٰى قَرْيَةٍ أَهْلَكْنٰهَآ أَنَّهُمْ لَا يَرْجِعُونَ ﴿٩٦﴾
حَتّٰٓى إِذَا فُتِحَتْ يَأْجُوجُ وَمَأْجُوجُ وَهُم مِّن كُلِّ
حَدَبٍ يَنسِلُونَ ﴿٩٧﴾
وَاقْتَرَبَ الْوَعْدُ الْحَقُّ فَإِذَا هِىَ شٰخِصَةٌ أَبْصٰرُ
الَّذِينَ كَفَرُوا يٰوَيْلَنَا قَدْ كُنَّا فِى غَفْلَةٍ مِّنْ هٰذَا
بَلْ كُنَّا ظٰلِمِينَ ﴿٩٨﴾
إِنَّكُمْ وَمَا تَعْبُدُونَ مِن دُونِ اللّٰهِ حَصَبُ جَهَنَّمَ
أَنتُمْ لَهَا وٰرِدُونَ ﴿٩٩﴾
لَوْ كَانَ هٰٓؤُلَآءِ ءَالِهَةً مَّا وَرَدُوهَا ۖ وَكُلٌّ فِيهَا
خٰلِدُونَ ﴿١٠٠﴾
لَهُمْ فِيهَا زَفِيرٌ وَهُمْ فِيهَا لَا يَسْمَعُونَ ﴿١٠١﴾
إِنَّ الَّذِينَ سَبَقَتْ لَهُم مِّنَّا الْحُسْنٰىٓ أُولٰٓئِكَ
عَنْهَا مُبْعَدُونَ ﴿١٠٢﴾
لَا يَسْمَعُونَ حَسِيسَهَا ۖ وَهُمْ فِى مَا اشْتَهَتْ
أَنفُسُهُمْ خٰلِدُونَ ﴿١٠٣﴾
لَا يَحْزُنُهُمُ الْفَزَعُ الْأَكْبَرُ وَتَتَلَقّٰىهُمُ الْمَلٰٓئِكَةُ
هٰذَا يَوْمُكُمُ الَّذِى كُنتُمْ تُوعَدُونَ ﴿١٠٤﴾
يَوْمَ نَطْوِى السَّمَآءَ كَطَىِّ السِّجِلِّ لِلْكُتُبِ ۚ كَمَا
بَدَأْنَآ أَوَّلَ خَلْقٍ نُّعِيدُهُۥ ۚ وَعْدًا عَلَيْنَآ ۚ إِنَّا كُنَّا

107. Vere en tio estas senditaĵo por popolo adoranta.

108. Ni sendis vin nur kiel kompaton por ĉiuj popoloj.

109. Diru: ”Vere al mi estis revelaciite nur, ke via Dio estas Dio ununura. Ĉu vi do ne volas submetiĝi? ”.

110. Tamen, kiam ili turnas siajn dorsojn, vi diru: ”Mi admonis vin ĉiujn egale, kaj mi ne scias, ĉu tio, kio estas promesita al vi, estas proksima aŭ malproksima.

111. Vere Li scias, kio estas malkaŝita en la parolo kaj Li scias, kio estas kaŝita.

112. Mi ne scias, ĉu eble tio ne estas nur provo por vi kaj provizaĵo por kelke da tempo”.

113. Li diris: ”Ho mia Sinjoro, juĝu Vi juste. Nia Sinjoro estas la Donema, kies helpo estas petegenda kontraŭ tio, kion vi asertas”.

فٰعِلِيْنَ ۝١٠٥
وَلَقَدْ كَتَبْنَا فِي الزَّبُوْرِ مِنْۢ بَعْدِ الذِّكْرِ
اَنَّ الْاَرْضَ يَرِثُهَا عِبَادِيَ الصّٰلِحُوْنَ ۝١٠٦
اِنَّ فِيْ هٰذَا لَبَلٰغًا لِّقَوْمٍ عٰبِدِيْنَ ۝١٠٧
وَمَآ اَرْسَلْنٰكَ اِلَّا رَحْمَةً لِّلْعٰلَمِيْنَ ۝١٠٨
قُلْ اِنَّمَا يُوْحٰۤى اِلَيَّ اَنَّمَاۤ اِلٰهُكُمْ اِلٰهٌ وَّاحِدٌ ۚ
فَهَلْ اَنْتُمْ مُّسْلِمُوْنَ ۝١٠٩
فَاِنْ تَوَلَّوْا فَقُلْ اٰذَنْتُكُمْ عَلٰى سَوَآءٍ ۗ وَاِنْ اَدْرِيْۤ
اَقَرِيْبٌ اَمْ بَعِيْدٌ مَّا تُوْعَدُوْنَ ۝١١٠
اِنَّهٗ يَعْلَمُ الْجَهْرَ مِنَ الْقَوْلِ وَيَعْلَمُ مَا تَكْتُمُوْنَ ۝١١١
وَاِنْ اَدْرِيْ لَعَلَّهٗ فِتْنَةٌ لَّكُمْ وَمَتَاعٌ اِلٰى
حِيْنٍ ۝١١٢
قٰلَ رَبِّ احْكُمْ بِالْحَقِّ ۗ وَرَبُّنَا الرَّحْمٰنُ الْمُسْتَعَانُ
عَلٰى مَا تَصِفُوْنَ ۝١١٣ ع




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho homoj, respektegu vian Sinjoron, ĉar la tertremo de la ''Horo'' estas teruraĵo.

3. En la tago, en kiu vi vidos ĝin, forgesos ĉiu suĉigantino sian suĉinfanon, kaj ĉiu gravedulino liberiĝos de sia ŝarĝo, kaj vi vidos la homojn kvazaŭ ebriaj, kvankam ili ne estas ebriaj: nur la puno de Allah estas severa.

4. Inter la homoj estas iu, kiu disputas pri Allah sen vera scio kaj sekvas ĉiun obstine ribeleman Satanon.

5. Pri li estas dekretite, ke li erarigos kaj kondukos al la puno de la fajro ĉiun, kiu lin prenas kiel amikon.

6. Ho vi homoj, se vi estas en dubo pri la reviviĝo, pensu, ke Ni kreis vin el polvo, poste el spermoguto, poste el buleto da sango, poste el peco da karno, parte formita kaj parte neformita, por klarigi tion al vi. Kaj Ni lasas resti en la utero, kion Ni volas, ĝis fiksita tempo; poste Ni estigas vin kiel infanojn, poste Ni kreskigas vin ĝis la matura aĝo. Iuj el vi estas forprenitaj, aliaj atingas la maljunecon, tiel ke ili nenion plu scias, kion ili kutimis scii. Kaj vi vidas la teron senviva, tamen, kiam Ni sendas sur ĝin la akvon, ĝi moviĝas kaj ŝvelas kaj kreskigas ĉion belegan.

7. Tio estas, ĉar Allah estas la vero kaj Tiu, kiu revivigas la mortintojn, kaj vere Li havas povon super ĉiuj aferoj,

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ①
يَا أَيُّهَا النَّاسُ اتَّقُوا رَبَّكُمْ إِنَّ زَلْزَلَةَ السَّاعَةِ
شَيْءٌ عَظِيمٌ ②
يَوْمَ تَرَوْنَهَا تَذْهَلُ كُلُّ مُرْضِعَةٍ عَمَّا أَرْضَعَتْ
وَتَضَعُ كُلُّ ذَاتِ حَمْلٍ حَمْلَهَا وَتَرَى النَّاسَ
سُكَارَىٰ وَمَا هُمْ بِسُكَارَىٰ وَلَٰكِنَّ عَذَابَ اللَّهِ
شَدِيدٌ ③
وَمِنَ النَّاسِ مَنْ يُجَادِلُ فِي اللَّهِ بِغَيْرِ عِلْمٍ وَ
يَتَّبِعُ كُلَّ شَيْطَانٍ مَرِيدٍ ④
كُتِبَ عَلَيْهِ أَنَّهُ مَنْ تَوَلَّاهُ فَأَنَّهُ يُضِلُّهُ وَيَهْدِيهِ
إِلَىٰ عَذَابِ السَّعِيرِ ⑤
يَا أَيُّهَا النَّاسُ إِنْ كُنْتُمْ فِي رَيْبٍ مِنَ الْبَعْثِ فَإِنَّا
خَلَقْنَاكُمْ مِنْ تُرَابٍ ثُمَّ مِنْ نُطْفَةٍ ثُمَّ مِنْ عَلَقَةٍ
ثُمَّ مِنْ مُضْغَةٍ مُخَلَّقَةٍ وَغَيْرِ مُخَلَّقَةٍ لِنُبَيِّنَ
لَكُمْ وَنُقِرُّ فِي الْأَرْحَامِ مَا نَشَاءُ إِلَىٰ أَجَلٍ مُسَمًّى
ثُمَّ نُخْرِجُكُمْ طِفْلًا ثُمَّ لِتَبْلُغُوا أَشُدَّكُمْ وَمِنْكُمْ
مَنْ يُتَوَفَّىٰ وَمِنْكُمْ مَنْ يُرَدُّ إِلَىٰ أَرْذَلِ الْعُمُرِ لِكَيْلَا
يَعْلَمَ مِنْ بَعْدِ عِلْمٍ شَيْئًا وَتَرَى الْأَرْضَ هَامِدَةً
فَإِذَا أَنْزَلْنَا عَلَيْهَا الْمَاءَ اهْتَزَّتْ وَرَبَتْ وَأَنْبَتَتْ

* v. la verson 28an

19. Allah klarigas al vi la dekretojn; Allah estas ĉioscia, saĝa.

يعظكم الله أن تعودوا لمثله أبدا إن كنتم
مؤمنين ﴿١٨﴾

20. Por tiuj, kiuj dezirus, ke disvastiĝu inter la kredantoj la malĉasteco, estos dolora puno en ĉi tiu kaj en la venonta vivo. Allah scias, sed vi ne scias.

ويبين الله لكم الآيات والله عليم حكيم ﴿١٩﴾

21. Se ne estus la graco de Allah kaj Lia favoro super vi, se Allah ne estus senkulpigema, pardonema!

إن الذين يحبون أن تشيع الفاحشة في الذين
آمنوا لهم عذاب أليم في الدنيا والآخرة والله
يعلم وأنتم لا تعلمون ﴿٢٠﴾
ولولا فضل الله عليكم ورحمته وأن الله رءوف
ع رحيم ﴿٢١﴾

22. Ho vi kredantoj! Ne sekvu la piedsignojn de Satano. Kiu sekvas la piedsignojn de Satano – li certe ordonas hontindaĵojn kaj maljustecon. Se ne estus la graco de Allah kaj Lia favoro super vi, neniu el vi iam puriĝus. Allah tamen purigas, kiun Li volas. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

يا أيها الذين آمنوا لا تتبعوا خطوات الشيطان ومن
يتبع خطوات الشيطان فإنه يأمر بالفحشاء والمنكر
ولولا فضل الله عليكم ورحمته ما زكى منكم من أحد
أبدا ولكن الله يزكي من يشاء والله سميع
عليم ﴿٢٢﴾

23. Tiuj el vi, kiuj posedas riĉecon kaj superfluon, ne ĵuru, ke ili ne donos al la parencoj kaj al la malriĉuloj kaj al la elmigrintoj por la afero de Allah. Ili pardonu kaj senkulpigu. Ĉu vi ne dezirus, ke Allah pardonu vin? Allah estas senkulpigema, pardonema.

ولا يأتل أولوا الفضل منكم والسعة أن يؤتوا
أولي القربى والمسكين والمهجرين في سبيل الله
وليعفوا وليصفحوا ألا تحبون أن يغفر الله لكم
والله غفور رحيم ﴿٢٣﴾

24. Tiuj, kiuj kalumnias ĉastajn, nekonsciajn, kredantajn virinojn, estas malbenitaj en ĉi tiu kaj en la venonta vivo. Por ili estos terura turmento.

25. En iu tago atestos kontraŭ ili iliaj langoj kaj iliaj manoj kaj iliaj piedoj pri tio, kion ili faris.

إن الذين يرمون المحصنت الغفلت المؤمنت
لعنوا في الدنيا والآخرة ولهم عذاب
عظيم ﴿٢٤﴾

26. En tiu tago Allah repagos ilin laŭ ilia merito kaj ili ekscios, ke Allah estas la evidenta vero.

27. Malbonaj aĵoj estas por la malbonaj homoj, kaj malbonaj homoj estas por la malbonaj aĵoj, kaj bonaj aĵoj estas por la bonaj

يوم تشهد عليهم ألسنتهم وأيديهم وأرجلهم
بما كانوا يعملون ﴿٢٥﴾

homoj, kaj bonaj homoj estas por la bonaj aĵoj. Ili estas liberaj de tio, kion la kalumniantoj disbabilas. Por ili estos pardono kaj honora provizaĵo.

28. Ho vi kredantoj! Ne eniru aliajn domojn ol viajn, antaŭ ol vi estos petintaj permeson de iliaj loĝantoj, kaj antaŭ ol vi estos ilin salutintaj. Tio estas pli bona por vi, por ke vi pripensu.

29. Se vi tamen trovas neniun en ili, ne eniru en ilin, antaŭ ol tio estos permesita al vi. Se estas dirite al vi: "Iru malantaŭen! ", tiam vi iru malantaŭen. Tio estas pli konvena por vi. Allah bone scias, kion vi faras.

30. Ne estos peko por vi eniri neokupitajn domojn, en kiuj troviĝas viaj propraĵoj. Allah bone scias, kion vi malkaŝas, kaj kion vi kaŝas.

31. Diru al la kredantoj, ke ili mallevu sian rigardon kaj gardu sian ĉastecon; tio estas pli konvena por ili. Allah ja bone scias, kion ili faras.

32. Kaj diru al la kredantinoj, ke ili mallevu sian rigardon, kaj gardu sian ĉastecon, kaj ke ili ne montru siajn ĉarmojn, krom tio, kio devas esti videbla, kaj ke ili kovru per siaj vestaĵoj la bruston, kaj ke ili ne senvualigu siajn ĉarmojn krom al siaj edzoj aŭ patroj aŭ al la patroj de siaj edzoj aŭ al siaj filoj aŭ al la filoj de siaj edzoj aŭ al siaj fratoj aŭ al la filoj de siaj fratoj aŭ al la filoj de siaj fratinoj aŭ al iliaj edzinoj aŭ al tiuj, kiujn posedas ilia dekstra mano, aŭ al tiuj el siaj servantoj, kiuj ne havas iun seksan instinkton, aŭ al la infanoj, kiuj nenion scias pri la virina nudeco. Ili ankaŭ ne batu siajn piedojn kune, tiel ke videbliĝu tio, kio estas kaŝita el iliaj ĉarmoj. Konvertiĝu ĉiuj al Allah, ho kredantoj, por ke vi prosperu.

33. Geedzigu la vidvinojn el vi kaj la bonajn sklavojn kaj sklavinojn. Se ili estas malriĉaj,

يومئذ يوفيهم الله دينهم الحق ويعلمون أن
الله هو الحق المبين ﴿٢٥﴾
الخبيثات للخبيثين والخبيثون للخبيثات ۖ و
الطيبات للطيبين والطيبون للطيبات ۚ أولئك
مبرءون مما يقولون ۖ لهم مغفرة ورزق
كريم ﴿٢٦﴾ ع
يا أيها الذين آمنوا لا تدخلوا بيوتا غير بيوتكم
حتى تستأنسوا وتسلموا على أهلها ۚ ذلكم خير لكم
لعلكم تذكرون ﴿٢٧﴾
فإن لم تجدوا فيها أحدا فلا تدخلوها حتى يؤذن
لكم ۖ وإن قيل لكم ارجعوا فارجعوا ۖ هو أزكى لكم
والله بما تعملون عليم ﴿٢٨﴾
ليس عليكم جناح أن تدخلوا بيوتا غير مسكونة
فيها متاع لكم ۚ والله يعلم ما تبدون وما تكتمون ﴿٢٩﴾
قل للمؤمنين يغضوا من أبصارهم ويحفظوا فروجهم
ذلك أزكى لهم ۗ إن الله خبير بما يصنعون ﴿٣٠﴾
وقل للمؤمنات يغضضن من أبصارهن ويحفظن
فروجهن ولا يبدين زينتهن إلا ما ظهر منها
وليضربن بخمرهن على جيوبهن ۖ ولا يبدين
زينتهن إلا لبعولتهن أو آبائهن أو آباء بعولتهن
أو أبنائهن أو أبناء بعولتهن أو إخوانهن أو
بني إخوانهن أو بني أخواتهن أو نسائهن أو ما

Allah faros ilin riĉaj per Sia graco. Allah estas malavara, ĉioscia.

34. Tiuj, kiuj ne trovas okazon – pro manko da propraĵoj – por geedziĝi, gardu sian ĉastecon, ĝis Allah faros ilin riĉaj per Sia graco. Tiuj sklavinoj, kiujn posedas via dekstra mano, kaj kiuj deziras la skribon de liberigo, skribu ĝin por ili, se vi scias, ke estas bono en ili, kaj donu al ili iom el la propraĵoj, kiujn Allah donis al vi. Ne devigu viajn sklavinojn prostituiĝi – se ili deziras esti ĉastaj – por atingi riĉecon en ĉi tiu vivo. Se iu tamen devigas ilin, tiam Allah certe post tia devigo estos senkulpigema, pardonema al ili.

35. Vere Ni sendis al vi klarajn signojn kaj la ekzemplon de tiuj, kiuj forpasis antaŭ vi, instruilon por la justuloj.

36. Allah estas la lumo de la ĉieloj kaj de la tero. Lia lumo estas simila al niĉo, en kiu troviĝas lampo. La lampo estas en vitraĵo. La vitraĵo similas al brilanta stelo, ekbruligita de benata arbo, de olivarbo nek el oriento nek el okcidento, kies oleo brilus, eĉ se ĝin ne tuŝus la fajro. Lumo super lumo. Allah estigas similaĵon por la homoj, kaj Allah scias ĉion.

37. Tio brilas en domoj, pri kiuj Allah ordonis, ke ili estu altigataj, kaj ke Lia nomo estu proklamata en ili. Tie gloregas Lin matene kaj vespere

38. viroj, kiujn nek varoj nek komerco malhelpas memori Allahon kaj levi la preĝon kaj disdoni almozojn. Ili timas la tagon, en kiu koroj kaj okuloj estos returnitaj,

39. por ke Allah rekompencu ilin pro iliaj plej bonaj agoj kaj pliigu ilin per Sia graco. Allah provizas, kiun Li volas, sen limigo.

مَلَكَتْ أَيْمَانُهُنَّ أَوِ التَّابِعِينَ غَيْرِ أُولِي الْإِرْبَةِ
مِنَ الرِّجَالِ أَوِ الطِّفْلِ الَّذِينَ لَمْ يَظْهَرُوا عَلَىٰ عَوْرَاتِ
النِّسَاءِ ۖ وَلَا يَضْرِبْنَ بِأَرْجُلِهِنَّ لِيُعْلَمَ مَا يُخْفِينَ
مِنْ زِينَتِهِنَّ ۚ وَتُوبُوا إِلَى اللَّهِ جَمِيعًا أَيُّهَ الْمُؤْمِنُونَ
لَعَلَّكُمْ تُفْلِحُونَ ۝
وَأَنْكِحُوا الْأَيَامَىٰ مِنْكُمْ وَالصَّالِحِينَ مِنْ عِبَادِكُمْ
وَإِمَائِكُمْ ۚ إِنْ يَكُونُوا فُقَرَاءَ يُغْنِهِمُ اللَّهُ مِنْ فَضْلِهِ ۗ
وَاللَّهُ وَاسِعٌ عَلِيمٌ ۝
وَلْيَسْتَعْفِفِ الَّذِينَ لَا يَجِدُونَ نِكَاحًا حَتَّىٰ يُغْنِيَهُمُ
اللَّهُ مِنْ فَضْلِهِ ۗ وَالَّذِينَ يَبْتَغُونَ الْكِتَابَ مِمَّا مَلَكَتْ
أَيْمَانُكُمْ فَكَاتِبُوهُمْ إِنْ عَلِمْتُمْ فِيهِمْ خَيْرًا ۖ وَآتُوهُمْ
مِنْ مَالِ اللَّهِ الَّذِي آتَاكُمْ ۚ وَلَا تُكْرِهُوا فَتَيَاتِكُمْ
عَلَى الْبِغَاءِ إِنْ أَرَدْنَ تَحَصُّنًا لِتَبْتَغُوا عَرَضَ الْحَيَاةِ
الدُّنْيَا ۚ وَمَنْ يُكْرِهْهُنَّ فَإِنَّ اللَّهَ مِنْ بَعْدِ إِكْرَاهِهِنَّ
غَفُورٌ رَحِيمٌ ۝
وَلَقَدْ أَنْزَلْنَا إِلَيْكُمْ آيَاتٍ مُبَيِّنَاتٍ وَمَثَلًا مِنَ الَّذِينَ
خَلَوْا مِنْ قَبْلِكُمْ وَمَوْعِظَةً لِلْمُتَّقِينَ ۝ ع
اللَّهُ نُورُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۚ مَثَلُ نُورِهِ كَمِشْكَاةٍ فِيهَا
مِصْبَاحٌ ۖ الْمِصْبَاحُ فِي زُجَاجَةٍ ۖ الزُّجَاجَةُ كَأَنَّهَا كَوْكَبٌ
دُرِّيٌّ يُوقَدُ مِنْ شَجَرَةٍ مُبَارَكَةٍ زَيْتُونَةٍ لَا شَرْقِيَّةٍ
وَلَا غَرْبِيَّةٍ يَكَادُ زَيْتُهَا يُضِيءُ وَلَوْ لَمْ تَمْسَسْهُ
نَارٌ ۚ نُورٌ عَلَىٰ نُورٍ ۗ يَهْدِي اللَّهُ لِنُورِهِ مَنْ يَشَاءُ ۚ

40. La miskredantoj tamen – iliaj agoj estas kiel miraĝo en iu ebenaĵo. La soifanto opinias ĝin akvo, ĝis, alvenante al ĝi, li trovas nenion. Li tamen trovas Allahon apud ĝi, kiu repagas lin. Allah estas rapida je l' juĝo.

41. Aŭ kiel mallumego en profunda maro; ondo kovras ĝin, super ĝi estas ondo, super tiu estas nubo; tavoloj de mallumego, unu super la alia; kiam li etendas sian manon, li preskaŭ ne povas vidi ĝin. Por tiu, al kiu Allah ne donas lumon, tute ne estas lumo.

42. Ĉu vi ne vidis, ke estas Allah Tiu, kiun laŭdegas tiuj, kiuj estas en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj la birdoj kun siaj disetenditaj flugiloj? Ĉiu konas sian manieron de preĝo kaj laŭdego, kaj Allah scias, kion ili faras.

43. Al Allah apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj al Allah estos la reveno.

44. Ĉu vi ne vidis, ke Allah puŝas la nubojn, poste Li kunigas ilin, poste Li amasigas ilin, tiel ke vi vidas la pluvon eliri el ilia mezo? Kaj Li sendas el la ĉielo montojn da nuboj de hajlo kaj Li trafas per ĝi, kiun Li volas. La brilo de Lia fulmo preskaŭ forprenas la vidon.

45. Allah alternigas la nokton kaj la tagon. Vere en tio estas instruilo por tiuj, kiuj havas vidadon.

46. Allah kreis ĉiun kreitaĵon el akvo. Inter ili estas unu, kiu rampas sur sia ventro, kaj inter ili estas alia, kiu iras per du kruroj, kaj inter ili estas alia, kiu iras per kvar kruroj. Allah kreas, kion Li volas. Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

وَيَضْرِبُ اللّٰهُ الْاَمْثَالَ لِلنَّاسِ ۗ وَاللّٰهُ بِكُلِّ شَيْءٍ
عَلِيْمٌ ﴿٣٦﴾
فِيْ بُيُوْتٍ اَذِنَ اللّٰهُ اَنْ تُرْفَعَ وَيُذْكَرَ فِيْهَا اسْمُهٗ
يُسَبِّحُ لَهٗ فِيْهَا بِالْغُدُوِّ وَالْاٰصَالِ ﴿٣٧﴾
رِجَالٌ ۙ لَّا تُلْهِيْهِمْ تِجَارَةٌ وَّلَا بَيْعٌ عَنْ ذِكْرِ اللّٰهِ
وَاِقَامِ الصَّلٰوةِ وَاِيْتَآءِ الزَّكٰوةِ ۙ يَخَافُوْنَ يَوْمًا
تَتَقَلَّبُ فِيْهِ الْقُلُوْبُ وَالْاَبْصَارُ ﴿٣٨﴾
لِيَجْزِيَهُمُ اللّٰهُ اَحْسَنَ مَا عَمِلُوْا وَيَزِيْدَهُمْ مِّنْ
فَضْلِهٖ ۗ وَاللّٰهُ يَرْزُقُ مَنْ يَّشَآءُ بِغَيْرِ حِسَابٍ ﴿٣٩﴾
وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اَعْمَالُهُمْ كَسَرَابٍۭ بِقِيْعَةٍ يَّحْسَبُهُ
الظَّمْاٰنُ مَآءً ۗ حَتّٰىٓ اِذَا جَآءَهٗ لَمْ يَجِدْهُ شَيْـًٔا وَّوَجَدَ
اللّٰهَ عِنْدَهٗ فَوَفّٰىهُ حِسَابَهٗ ۗ وَاللّٰهُ سَرِيْعُ الْحِسَابِ ﴿٤٠﴾
اَوْ كَظُلُمٰتٍ فِيْ بَحْرٍ لُّجِّيٍّ يَّغْشٰىهُ مَوْجٌ مِّنْ فَوْقِهٖ مَوْجٌ مِّنْ فَوْقِهٖ
سَحَابٌ ۗ ظُلُمٰتٌۢ بَعْضُهَا فَوْقَ بَعْضٍ ۗ اِذَآ اَخْرَجَ يَدَهٗ
لَمْ يَكَدْ يَرٰىهَا ۗ وَمَنْ لَّمْ يَجْعَلِ اللّٰهُ لَهٗ نُوْرًا فَمَا
لَهٗ مِنْ نُّوْرٍ ﴿٤١﴾
اَلَمْ تَرَ اَنَّ اللّٰهَ يُسَبِّحُ لَهٗ مَنْ فِي السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ
وَالطَّيْرُ صٰٓفّٰتٍ ۗ كُلٌّ قَدْ عَلِمَ صَلَاتَهٗ وَتَسْبِيْحَهٗ ۗ
وَاللّٰهُ عَلِيْمٌ بِمَا يَفْعَلُوْنَ ﴿٤٢﴾
وَلِلّٰهِ مُلْكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۚ وَاِلَى اللّٰهِ الْمَصِيْرُ ﴿٤٣﴾
اَلَمْ تَرَ اَنَّ اللّٰهَ يُزْجِيْ سَحَابًا ثُمَّ يُؤَلِّفُ بَيْنَهٗ ثُمَّ
يَجْعَلُهٗ رُكَامًا فَتَرَى الْوَدْقَ يَخْرُجُ مِنْ خِلٰلِهٖ ۚ وَ

47. Ni vere sendis klarajn revelaciojn. Allah gvidas, kiun Li volas, sur la rektan vojon.

48. Ili diras: ”Ni kredas je Allah kaj al Lia sendito kaj ni obeas”, poste turnas sin for post tio kelkaj el ili. Tiuj ne estas kredantoj.

49. Kiam ili estas vokataj al Allah kaj al Lia sendito, por ke li povu juĝi inter ili, jen, parto de ili turnas sin for.

50. Kiam tamen la vero estas iliaflanke, tiam ili kuras al li, humile.

51. Ĉu estas en iliaj koroj malsano, ĉu ili dubas, ĉu ili timas, ke Allah kaj Lia sendito estos maljustaj al ili? Ne! Estas ili mem tiuj, kiuj estas malpiegaj.

52. Vere la parolo de la kredantoj, kiam ili estas vokataj al Allah kaj al Lia sendito, por ke li juĝu inter ili, estas nur, ke ili diras: ”Ni aŭdas kaj ni obeas”. Estas ili tiuj, kiuj prosperos,

53. kiuj obeas Allahon kaj Lian senditon kaj respektegas Allahon kaj prenas Lin kiel defendanton: estas ili tiuj, kiuj atingos la feliĉon.

54. Ili ĵuras per Allah siajn plej solenajn ĵurojn. Certe ili elirus, se vi tion ordonus. Diru: ”Ne ĵuru! Necesas sincera obeado! ”. Vere Allah bone scias, kion vi faras.

55. Diru: ”Obeu Allahon kaj obeu la senditon”. Se vi tamen turnas vin for, li nur responsos pri tio, kio estas lia tasko, kaj vi responsos pri tio, kio estas via tasko. Se vi obeas lin, vi estos gvidataj, kaj la tasko de la sendito estas nur la klara proklamado.

يُنَزِّلُ مِنَ السَّمَآءِ مِن جِبَالٍ فِيهَا مِن بَرَدٍ فَيُصِيبُ
بِهِ مَن يَشَآءُ وَيَصْرِفُهُ عَن مَّن يَشَآءُ ۖ يَكَادُ سَنَا
بَرْقِهِ يَذْهَبُ بِالْأَبْصَارِ ﴿٤٤﴾
يُقَلِّبُ اللَّهُ اللَّيْلَ وَالنَّهَارَ ۚ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَعِبْرَةً
لِّأُولِي الْأَبْصَارِ ﴿٤٥﴾
وَاللَّهُ خَلَقَ كُلَّ دَآبَّةٍ مِّن مَّآءٍ ۖ فَمِنْهُم مَّن يَمْشِي
عَلَىٰ بَطْنِهِ وَمِنْهُم مَّن يَمْشِي عَلَىٰ رِجْلَيْنِ وَمِنْهُم مَّن
يَمْشِي عَلَىٰ أَرْبَعٍ ۚ يَخْلُقُ اللَّهُ مَا يَشَآءُ ۚ إِنَّ اللَّهَ عَلَىٰ كُلِّ
شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٤٦﴾
لَّقَدْ أَنزَلْنَآ آيَاتٍ مُّبَيِّنَاتٍ ۚ وَاللَّهُ يَهْدِي مَن يَشَآءُ إِلَىٰ
صِرَاطٍ مُّسْتَقِيمٍ ﴿٤٧﴾
وَيَقُولُونَ آمَنَّا بِاللَّهِ وَبِالرَّسُولِ وَأَطَعْنَا ثُمَّ يَتَوَلَّىٰ
فَرِيقٌ مِّنْهُم مِّن بَعْدِ ذَٰلِكَ ۚ وَمَآ أُولَٰٓئِكَ بِالْمُؤْمِنِينَ ﴿٤٨﴾
وَإِذَا دُعُوٓا إِلَى اللَّهِ وَرَسُولِهِ لِيَحْكُمَ بَيْنَهُمْ إِذَا فَرِيقٌ
مِّنْهُم مُّعْرِضُونَ ﴿٤٩﴾
وَإِن يَكُن لَّهُمُ الْحَقُّ يَأْتُوٓا إِلَيْهِ مُذْعِنِينَ ﴿٥٠﴾
أَفِي قُلُوبِهِم مَّرَضٌ أَمِ ارْتَابُوٓا أَمْ يَخَافُونَ أَن يَحِيفَ
اللَّهُ عَلَيْهِمْ وَرَسُولُهُ ۚ بَلْ أُولَٰٓئِكَ هُمُ الظَّالِمُونَ ﴿٥١﴾ ع
إِنَّمَا كَانَ قَوْلَ الْمُؤْمِنِينَ إِذَا دُعُوٓا إِلَى اللَّهِ وَرَسُولِهِ
لِيَحْكُمَ بَيْنَهُمْ أَن يَقُولُوا سَمِعْنَا وَأَطَعْنَا ۚ وَأُولَٰٓئِكَ
هُمُ الْمُفْلِحُونَ ﴿٥٢﴾
وَمَن يُطِعِ اللَّهَ وَرَسُولَهُ وَيَخْشَ اللَّهَ وَيَتَّقْهِ فَأُولَٰٓئِكَ

56. Allah promesis al la kredantoj kaj bonfarantoj, ke Li faros ilin heredantoj sur la tero, kiel Li jam faris heredantoj tiujn, kiuj estis antaŭ ili, kaj ke Li firmigos por ili ilian religion, kiun Li elektis por ili, kaj ke Li aliigos por ili ilian situacion, post ilia timo, en sekurecon. Ili adoros Min, ili ne aldonos al Mi iun ajn rivalon. Kiuj tamen post tio nekredos, tiuj estos la ribelantoj.

57. Levu la preĝon kaj almozdonu kaj obeu la senditon, por ke estu kompato al vi.

58. Ne imagu, ke la miskredantoj povos vanigi Mian povon sur la tero; ilia loĝejo estos la fajro. Malbonega estas la destino!

59. Ho vi kredantoj! Tiuj, kiujn posedas via mano dekstra, kaj tiuj el vi, kiuj ankoraŭ ne viriĝis, petu permeson, antaŭ ol ili venos en vian ĉambron je tri tempoj: antaŭ la preĝo de la tagiĝo, kiam vi senvestiĝas pro la varmego de la tagmezo, kaj post la preĝo de la vespero – por vi tri tempoj de soleco. Poste ne estas peko por vi nek por ili, se vi okupiĝos unu pri la alia. Tiel Allah klarigas por vi Siajn signojn. Allah estas ĉioscia, saĝa.

60. Kiam la infanoj inter vi viriĝas, ili ankaŭ devas peti permeson, same kiel faris tiuj antaŭ ili. Tiel Allah klarigas Siajn signojn. Allah estas ĉioscia, saĝa.

61. Pri la maljunaj virinoj, kiuj ne povas esperi edziniĝi, por ili ne estas peko, se ili senvualiĝas, tamen ne montrante siajn ĉarmojn. Se ili tamen ne faras tion, estas eĉ pli bone por ili. Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

هُمُ الْفَآئِزُوْنَ ﴿٥٣﴾
وَاَقْسَمُوْا بِاللّٰهِ جَهْدَ اَيْمَانِهِمْ لَئِنْ اَمَرْتَهُمْ لَيَخْرُجُنَّ ؕ
قُلْ لَّا تُقْسِمُوْا ۚ طَاعَةٌ مَّعْرُوْفَةٌ ؕ اِنَّ اللّٰهَ خَبِيْرٌۢ بِمَا
تَعْمَلُوْنَ ﴿٥٤﴾
قُلْ اَطِيْعُوا اللّٰهَ وَاَطِيْعُوا الرَّسُوْلَ ۚ فَاِنْ تَوَلَّوْا فَاِنَّمَا
عَلَيْهِ مَا حُمِّلَ وَعَلَيْكُمْ مَّا حُمِّلْتُمْ ؕ وَاِنْ تُطِيْعُوْهُ
تَهْتَدُوْا ؕ وَمَا عَلَى الرَّسُوْلِ اِلَّا الْبَلٰغُ الْمُبِيْنُ ﴿٥٥﴾
وَعَدَ اللّٰهُ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا مِنْكُمْ وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ
لَيَسْتَخْلِفَنَّهُمْ فِى الْاَرْضِ كَمَا اسْتَخْلَفَ الَّذِيْنَ مِنْ
قَبْلِهِمْ ۪ وَلَيُمَكِّنَنَّ لَهُمْ دِيْنَهُمُ الَّذِى ارْتَضٰى لَهُمْ
وَلَيُبَدِّلَنَّهُمْ مِّنْۢ بَعْدِ خَوْفِهِمْ اَمْنًا ؕ يَعْبُدُوْنَنِىْ
لَا يُشْرِكُوْنَ بِىْ شَيْـًٔا ؕ وَمَنْ كَفَرَ بَعْدَ ذٰلِكَ فَاُولٰٓئِكَ
هُمُ الْفٰسِقُوْنَ ﴿٥٦﴾
وَاَقِيْمُوا الصَّلٰوةَ وَاٰتُوا الزَّكٰوةَ وَاَطِيْعُوا الرَّسُوْلَ
لَعَلَّكُمْ تُرْحَمُوْنَ ﴿٥٧﴾
لَا تَحْسَبَنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا مُعْجِزِيْنَ فِى الْاَرْضِ ۚ
وَمَاْوٰىهُمُ النَّارُ ؕ وَلَبِئْسَ الْمَصِيْرُ ﴿٥٨﴾ ع
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لِيَسْتَاْذِنْكُمُ الَّذِيْنَ مَلَكَتْ
اَيْمَانُكُمْ وَالَّذِيْنَ لَمْ يَبْلُغُوا الْحُلُمَ مِنْكُمْ ثَلٰثَ
مَرّٰتٍ ؕ مِنْ قَبْلِ صَلٰوةِ الْفَجْرِ وَحِيْنَ تَضَعُوْنَ ثِيَابَكُمْ
مِّنَ الظَّهِيْرَةِ وَمِنْۢ بَعْدِ صَلٰوةِ الْعِشَآءِ ۚ ثَلٰثُ عَوْرٰتٍ
لَّكُمْ ؕ لَيْسَ عَلَيْكُمْ وَلَا عَلَيْهِمْ جُنَاحٌۢ بَعْدَهُنَّ ؕ

62. Ne estas peko por blindulo, ne estas peko por lamulo, ne estas peko por malsanulo, nek por vi mem, se vi manĝas en viaj domoj aŭ en la domoj de viaj patroj aŭ en la domoj de viaj patrinoj aŭ en la domoj de viaj fratoj aŭ en la domoj de viaj fratinoj aŭ en la domoj de viaj onkloj aŭ en la domoj de viaj onklinoj aŭ en la domoj de la fratoj de viaj patrinoj aŭ en la domoj de la fratinoj de viaj patrinoj aŭ en la domo, kies ŝlosilo estas en via posedo, aŭ en la domo de amiko. Ne estas peko por vi, se vi manĝas ĉiuj kune aŭ en soleco. Tamen, kiam vi eniras la domojn, salutu reciproke per benata, pura saluto antaŭ Allah. Tiel Allah klarigas por vi la signojn, por ke vi komprenu.

63. Vere kredantoj estas nur tiuj, kiuj kredas je Allah kaj al Lia sendito, kaj tiuj, kiuj, kiam ili estas kun li por afero grava por ĉiuj, ne foriras, antaŭ ol peti de li forpermeson. Vere tiuj, kiuj petas forpermeson de vi, estas tiuj, kiuj vere kredas je Allah kaj al Lia sendito. Kiam ili do petas de vi forpermeson por iu propra afero, permesu al tiu el ili, kiun vi preferas, kaj petu pardonon de Allah por ili. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

64. Ne konsideru la vokon de la sendito inter vi kiel la vokon de iu el vi al la alia. Allah vere konas tiujn el vi, kiuj sekrete for-

طَوّٰفُوْنَ عَلَيْكُمْ بَعْضُكُمْ عَلٰى بَعْضٍ كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ
اللّٰهُ لَكُمُ الْاٰيٰتِ وَاللّٰهُ عَلِيْمٌ حَكِيْمٌ ﴿٥٩﴾
وَاِذَا بَلَغَ الْاَطْفَالُ مِنْكُمُ الْحُلُمَ فَلْيَسْتَاْذِنُوْا كَمَا
اسْتَاْذَنَ الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ اللّٰهُ لَكُمْ
اٰيٰتِهٖ وَاللّٰهُ عَلِيْمٌ حَكِيْمٌ ﴿٦٠﴾
وَالْقَوَاعِدُ مِنَ النِّسَآءِ الّٰتِيْ لَا يَرْجُوْنَ نِكَاحًا
فَلَيْسَ عَلَيْهِنَّ جُنَاحٌ اَنْ يَّضَعْنَ ثِيَابَهُنَّ غَيْرَ
مُتَبَرِّجٰتٍۭ بِزِيْنَةٍ وَاَنْ يَّسْتَعْفِفْنَ خَيْرٌ لَّهُنَّ
وَاللّٰهُ سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ ﴿٦١﴾
لَيْسَ عَلَى الْاَعْمٰى حَرَجٌ وَّلَا عَلَى الْاَعْرَجِ حَرَجٌ وَّلَا
عَلَى الْمَرِيْضِ حَرَجٌ وَّلَا عَلٰۤى اَنْفُسِكُمْ اَنْ تَاْكُلُوْا مِنْ
بُيُوْتِكُمْ اَوْ بُيُوْتِ اٰبَآئِكُمْ اَوْ بُيُوْتِ اُمَّهٰتِكُمْ اَوْ
بُيُوْتِ اِخْوَانِكُمْ اَوْ بُيُوْتِ اَخَوٰتِكُمْ اَوْ بُيُوْتِ اَعْمَامِكُمْ
اَوْ بُيُوْتِ عَمّٰتِكُمْ اَوْ بُيُوْتِ اَخْوَالِكُمْ اَوْ بُيُوْتِ خٰلٰتِكُمْ
اَوْ مَا مَلَكْتُمْ مَّفَاتِحَهٗۤ اَوْ صَدِيْقِكُمْ لَيْسَ عَلَيْكُمْ
جُنَاحٌ اَنْ تَاْكُلُوْا جَمِيْعًا اَوْ اَشْتَاتًا فَاِذَا دَخَلْتُمْ
بُيُوْتًا فَسَلِّمُوْا عَلٰۤى اَنْفُسِكُمْ تَحِيَّةً مِّنْ عِنْدِ اللّٰهِ
مُبٰرَكَةً طَيِّبَةً كَذٰلِكَ يُبَيِّنُ اللّٰهُ لَكُمُ الْاٰيٰتِ لَعَلَّكُمْ
تَعْقِلُوْنَ ﴿٦٢﴾ ع
اِنَّمَا الْمُؤْمِنُوْنَ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا بِاللّٰهِ وَرَسُوْلِهٖ وَاِذَا
كَانُوْا مَعَهٗ عَلٰۤى اَمْرٍ جَامِعٍ لَّمْ يَذْهَبُوْا حَتّٰى يَسْتَاْذِنُوْهُ
اِنَّ الَّذِيْنَ يَسْتَاْذِنُوْنَكَ اُولٰٓئِكَ الَّذِيْنَ يُؤْمِنُوْنَ

iras kaŝante sin. Do gardu sin tiuj, kiuj kontraŭstaras lin, por ke ilin ne trafu malfeliĉo aŭ ne atingu ilin dolora puno.

65. Aŭskultu! Al Allah apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Li bone konas vian situacion kaj en la tago, kiam ili revenos al Li, Li anoncos al ili kion ili faris. Allah scias ĉion.

بالله ورسوله فاذا استاذنوك لبعض شانهم
فاذن لمن شئت منهم واستغفر لهم الله ان
الله غفور رحيم ﴿٦٢﴾
لا تجعلوا دعاء الرسول بينكم كدعاء بعضكم بعضا
قد يعلم الله الذين يتسللون منكم لواذا فليحذر
الذين يخالفون عن امره ان تصيبهم فتنة او
يصيبهم عذاب اليم ﴿٦٣﴾
الا ان لله ما في السموت والارض قد يعلم ما انتم
عليه ويوم يرجعون اليه فينبئهم بما عملوا والله
ع بكل شيء عليم ﴿٦٤﴾




*revelaciita en Mekko*

بسم الله الرحمن الرحيم ①

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

تبارك الذي نزل الفرقان على عبده ليكون للعالمين نذيرا ②

2. Benata estu Li, kiu sendis la ekkonigilon al Sia servanto, por ke li estu admonanto por ĉiuj popoloj,

الذي له ملك السموت والأرض ولم يتخذ ولدا ولم يكن له شريك في الملك وخلق كل شيء فقدره تقديرا ③

3. Li, al kiu apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero, kiu neniam prenis al Si filon, kiu ne havas kunulon je la suvereneco, kiu kreis ĉiujn aĵojn kaj fiksis por ili mezuron.

واتخذوا من دونه آلهة لا يخلقون شيئا وهم يخلقون ولا يملكون لأنفسهم ضرا ولا نفعا ولا يملكون موتا ولا حيوة ولا نشورا ④

4. Ili tamen prenis al si apud Li aliajn Diojn, kiuj nenion kreis; kontraŭe ili mem estis kreitaj, kaj ili ne havas por si mem iun ajn povon super malutilo kaj utilo, kaj ili ne havas iun ajn povon super morto kaj vivo kaj reviviĝo.

وقال الذين كفروا إن هذا إلا إفك افترىه وأعانه عليه قوم آخرون فقد جاءو ظلما وزورا ⑤

5. La miskredantoj diras: "Tio nur estas mensogo, kiun li elpensis, kaj aliaj homoj helpis lin pri tio". Certe ili venis kun maljusteco kaj kun mensogoj.

وقالوا أساطير الأولين اكتتبها فهي تملى عليه بكرة وأصيلا ⑥

6. Ili diras: "Tio estas nur fabeloj de la antikvuloj; li skribigis ilin kaj ili estas legataj al li matene kaj vespere".

قل أنزله الذي يعلم السر في السموت والأرض إنه كان غفورا رحيما ⑦

7. Diru: "Li sendis ĝin, Li, kiu scias la sekreton de la ĉieloj kaj de la tero. Li vere estas senkulpigema, pardonema".

وقالوا مال هذا الرسول يأكل الطعام ويمشي في الأسواق لولا أنزل إليه ملك فيكون معه نذيرا ⑧

8. Ili diras: "Kio estas pri tiu sendito, kiu manĝas manĝaĵojn kaj iras sur la stratoj? Kial ne estis sendita al li anĝelo, por ke li estu apud li kiel admonanto?

9. Aŭ kial ne estis ĵetita malsupren al li trezoro aŭ donita al li ĝardeno, por ke li man-

ĝu el ĝi? ". La malpieguloj diras: "Vi nur sekvas ensorĉitan viron! ".

10. Rigardu, kiel ili konstruas pri vi similaĵojn. Ili eraradis kaj ne trovas la vojon.

11. Estu benata Li, kiu – se Li volas – donos al vi ion pli bonan ol tio – ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj – kaj donos al vi palacojn.

12. Ne! Ili negas la "Horon", kaj Ni pretigis por tiuj, kiuj negas la "Horon", maron el flamoj.

13. Kiam ĝi vidos ilin el malproksima loko, ili aŭdos ĝin furiozi kaj blekegi.

14. Kiam ili estos ĵetitaj en ĝin, katenitaj, tiam ili deziregos en ĝi sian neniiĝon.

15. "Ne alvoku hodiaŭ la neniiĝon unufoje, sed alvoku ĝin ofte".

16. Diru: "Ĉu estas nun pli bona ĉi tio aŭ la ĝardeno de la eterneco, kiu estas promesita al la justuloj? Ĝi estos ilia rekompenco kaj destino".

17. En ĝi ili ricevos ĉion, kion ili volas, kaj tie ili restos por ĉiam. Ĝi estas promeso, garantio de via Sinjoro.

18. En la tago, en kiu Li kunvenigos ilin kaj tiujn, kiujn ili adoris anstataŭ Allahon, Li demandos: "Ĉu estis vi tiuj, kiuj devojigis ĉi tiujn Miajn servantojn, aŭ ĉu ili mem devojiĝis? ".

19. Ili respondos: "Sankta Vi estas! Ne konvenis al ni preni por ni aliajn protektantojn ol Vin, sed Vi donis al ili kaj al iliaj patroj la bonajn aĵojn, ĝis ili forgesis la admonon kaj fariĝis popolo pereinta".

أَوْ يُلْقَىٰٓ إِلَيْهِ كَنزٌ أَوْ تَكُونُ لَهُۥ جَنَّةٌ يَأْكُلُ مِنْهَا ۚ
وَقَالَ ٱلظَّٰلِمُونَ إِن تَتَّبِعُونَ إِلَّا رَجُلًا مَّسْحُورًا ٩
ٱنظُرْ كَيْفَ ضَرَبُوا۟ لَكَ ٱلْأَمْثَٰلَ فَضَلُّوا۟ فَلَا يَسْتَطِيعُونَ
سَبِيلًا ١٠
تَبَارَكَ ٱلَّذِىٓ إِن شَآءَ جَعَلَ لَكَ خَيْرًا مِّن ذَٰلِكَ
جَنَّٰتٍ تَجْرِى مِن تَحْتِهَا ٱلْأَنْهَٰرُ وَيَجْعَل لَّكَ
قُصُورًا ١١
بَلْ كَذَّبُوا۟ بِٱلسَّاعَةِ ۖ وَأَعْتَدْنَا لِمَن كَذَّبَ
بِٱلسَّاعَةِ سَعِيرًا ١٢
إِذَا رَأَتْهُم مِّن مَّكَانٍۭ بَعِيدٍ سَمِعُوا۟ لَهَا تَغَيُّظًا
وَزَفِيرًا ١٣
وَإِذَآ أُلْقُوا۟ مِنْهَا مَكَانًا ضَيِّقًا مُّقَرَّنِينَ دَعَوْا۟ هُنَالِكَ
ثُبُورًا ١٤
لَّا تَدْعُوا۟ ٱلْيَوْمَ ثُبُورًا وَٰحِدًا وَٱدْعُوا۟ ثُبُورًا كَثِيرًا ١٥
قُلْ أَذَٰلِكَ خَيْرٌ أَمْ جَنَّةُ ٱلْخُلْدِ ٱلَّتِى وُعِدَ ٱلْمُتَّقُونَ ۚ
كَانَتْ لَهُمْ جَزَآءً وَمَصِيرًا ١٦
لَّهُمْ فِيهَا مَا يَشَآءُونَ خَٰلِدِينَ ۚ كَانَ عَلَىٰ رَبِّكَ وَعْدًا
مَّسْـُٔولًا ١٧
وَيَوْمَ يَحْشُرُهُمْ وَمَا يَعْبُدُونَ مِن دُونِ ٱللَّهِ
فَيَقُولُ ءَأَنتُمْ أَضْلَلْتُمْ عِبَادِى هَٰٓؤُلَآءِ أَمْ هُمْ ضَلُّوا۟
ٱلسَّبِيلَ ١٨
قَالُوا۟ سُبْحَٰنَكَ مَا كَانَ يَنۢبَغِى لَنَآ أَن نَّتَّخِذَ مِن

20. Certe ili nun dubigis vin pri tio, kion vi diris, kaj vi ne povas eviti la punon nekhelpi vin mem. Al tiu, kiu agas malbone, Ni gustumigos severan punon.

دُونِكَ مِنْ أَوْلِيَآءَ وَلَٰكِن مَّتَّعْتَهُمْ وَءَابَآءَهُمْ حَتَّىٰ
نَسُوا الذِّكْرَ وَكَانُوا قَوْمًا بُورًا ﴿١٩﴾
فَقَدْ كَذَّبُوكُم بِمَا تَقُولُونَ فَمَا تَسْتَطِيعُونَ صَرْفًا
وَلَا نَصْرًا وَمَن يَظْلِم مِّنكُمْ نُذِقْهُ عَذَابًا
كَبِيرًا ﴿٢٠﴾

21. Ankaŭ antaŭ vi Ni sendis nur senditojn, kiuj manĝis kaj iris sur la stratoj, kaj Ni faris kelkajn el vi provo por la aliaj. Ĉu vi do volas persisti? Vere via Sinjoro vidas ĉion.

* Fino de la 18-a parto

وَمَآ أَرْسَلْنَا قَبْلَكَ مِنَ الْمُرْسَلِينَ إِلَّآ إِنَّهُمْ
لَيَأْكُلُونَ الطَّعَامَ وَيَمْشُونَ فِي الْأَسْوَاقِ وَجَعَلْنَا
بَعْضَكُمْ لِبَعْضٍ فِتْنَةً أَتَصْبِرُونَ وَكَانَ
رَبُّكَ بَصِيرًا ﴿٢١﴾

22. Diras tiuj, kiuj ne esperas je la renkonto kun Ni: "Kial ne estas senditaj anĝeloj al ni? ". Aŭ: "Ni volus vidi nian Sinjoron". Vere ili fariĝas fieregaj pro si mem kaj ili transpaŝis treege la limojn.

وَقَالَ الَّذِينَ لَا يَرْجُونَ لِقَآءَنَا لَوْلَآ أُنزِلَ
عَلَيْنَا الْمَلَٰٓئِكَةُ أَوْ نَرَىٰ رَبَّنَا لَقَدِ اسْتَكْبَرُوا
فِيٓ أَنفُسِهِمْ وَعَتَوْ عُتُوًّا كَبِيرًا ﴿٢٢﴾

23. En la tago, en kiu ili vidos la anĝelojn – neniu bona novaĵo en tiu tago por la kulpuloj! – ili diros: "Ho, se estiĝus netransirebla barilo! ".

يَوْمَ يَرَوْنَ الْمَلَٰٓئِكَةَ لَا بُشْرَىٰ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُجْرِمِينَ
وَيَقُولُونَ حِجْرًا مَّحْجُورًا ﴿٢٣﴾

24. Ni turnos Nin al la faroj, kiujn ili faris, kaj Ni faros ilin polveroj.

وَقَدِمْنَآ إِلَىٰ مَا عَمِلُوا مِنْ عَمَلٍ فَجَعَلْنَٰهُ هَبَآءً
مَّنثُورًا ﴿٢٤﴾

25. La loĝantoj de la Paradizo havos en tiu tago bonegajn loĝejojn kaj honoran restadejon.

أَصْحَٰبُ الْجَنَّةِ يَوْمَئِذٍ خَيْرٌ مُّسْتَقَرًّا وَأَحْسَنُ
مَقِيلًا ﴿٢٥﴾

26. En la tago, en kiu la ĉielo fendiĝos kun la nuboj, kaj anĝeloj multenombraj estos senditaj,

وَيَوْمَ تَشَقَّقُ السَّمَآءُ بِالْغَمَٰمِ وَنُزِّلَ الْمَلَٰٓئِكَةُ
تَنزِيلًا ﴿٢٦﴾

27. en tiu tago la regno, la vera, estos de la Donema kaj tiu tago estos peza por la miskredantoj.

الْمُلْكُ يَوْمَئِذٍ الْحَقُّ لِلرَّحْمَٰنِ وَكَانَ يَوْمًا عَلَى
الْكَٰفِرِينَ عَسِيرًا ﴿٢٧﴾

28. En tiu tago, en kiu la malpiegulo mordos siajn manojn dirante: "Ho, se mi estus preninta la vojon kun la sendito!

29. Ho, ve al mi! Se mi neniam estus preninta tiun ulon kiel amikon!

وَيَوْمَ يَعَضُّ الظَّالِمُ عَلَىٰ يَدَيْهِ يَقُولُ يَا لَيْتَنِي اتَّخَذْتُ
مَعَ الرَّسُولِ سَبِيلًا ﴿٢٨﴾

30. Li vere devojigis min de la admono, post kiam ĝi venis al mi". Satano tamen estas perfidulo al la homo.

يَا وَيْلَتَىٰ لَيْتَنِي لَمْ أَتَّخِذْ فُلَانًا خَلِيلًا ﴿٢٩﴾
لَقَدْ أَضَلَّنِي عَنِ الذِّكْرِ بَعْدَ إِذْ جَاءَنِي ۗ وَكَانَ
الشَّيْطَانُ لِلْإِنسَانِ خَذُولًا ﴿٣٠﴾

31. La sendito diros: "Ho mia Sinjoro, vere mia popolo rifuzis ĉi tiun Koranon! ".

وَقَالَ الرَّسُولُ يَا رَبِّ إِنَّ قَوْمِي اتَّخَذُوا هَٰذَا الْقُرْآنَ مَهْجُورًا ﴿٣١﴾

32. Tiel Ni donis al ĉiu profeto malamikon el la vicoj de la pekuloj; tamen nun via Sinjoro sufiĉas kiel gvidanto kaj helpanto.

وَكَذَٰلِكَ جَعَلْنَا لِكُلِّ نَبِيٍّ عَدُوًّا مِّنَ الْمُجْرِمِينَ ۗ وَكَفَىٰ
بِرَبِّكَ هَادِيًا وَنَصِيرًا ﴿٣٢﴾

33. Diras la miskredantoj: "Kial la Korano ne estis sendita al li unufoje por ĉiam? ". Tio estis, por ke Ni plifortigu vian koron, kaj Ni plej bone ordigis ĝin,

وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا لَوْلَا نُزِّلَ عَلَيْهِ الْقُرْآنُ جُمْلَةً
وَاحِدَةً ۚ كَذَٰلِكَ لِنُثَبِّتَ بِهِ فُؤَادَكَ ۖ وَرَتَّلْنَاهُ
تَرْتِيلًا ﴿٣٣﴾

34. kaj por ĉiu problemo, kiun ili proponas al vi, Ni donas la veron kaj la plej bonan klarigon.

وَلَا يَأْتُونَكَ بِمَثَلٍ إِلَّا جِئْنَاكَ بِالْحَقِّ وَأَحْسَنَ
تَفْسِيرًا ﴿٣٤﴾

35. Tiuj, kiuj estos trenitaj sur siaj vizaĝoj al la infero, estos en la plej malbona situacio kaj estos devojiĝintaj plej malproksimen.

الَّذِينَ يُحْشَرُونَ عَلَىٰ وُجُوهِهِمْ إِلَىٰ جَهَنَّمَ أُولَٰئِكَ
شَرٌّ مَّكَانًا وَأَضَلُّ سَبِيلًا ﴿٣٥﴾ ع

36. Vere Ni donis al Moseo la Libron, kaj samtempe Ni faris lian fraton Aaron helpanto,

وَلَقَدْ آتَيْنَا مُوسَى الْكِتَابَ وَجَعَلْنَا مَعَهُ أَخَاهُ هَارُونَ
وَزِيرًا ﴿٣٦﴾

37. kaj Ni diris: "Eliru al la popolo, kiu rifuzis Niajn revelaciojn! " kaj poste Ni detruis ilin tute.

فَقُلْنَا اذْهَبَا إِلَى الْقَوْمِ الَّذِينَ كَذَّبُوا بِآيَاتِنَا فَدَمَّرْنَاهُمْ
تَدْمِيرًا ﴿٣٧﴾

38. Kaj la popolo de Noa: kiam ili forpelis la senditojn, Ni dronigis ilin kaj Ni faris ilin signo por la homoj. Ni pretigis por la malpieguloj doloran punon.

وَقَوْمَ نُوحٍ لَّمَّا كَذَّبُوا الرُّسُلَ أَغْرَقْنَاهُمْ وَجَعَلْنَاهُمْ
لِلنَّاسِ آيَةً ۖ وَأَعْتَدْنَا لِلظَّالِمِينَ عَذَابًا أَلِيمًا ﴿٣٨﴾

39. Kaj Ni ankaŭ detruis Aadon kaj Tamudon kaj la popolon de la Puto kaj multajn aliajn popolojn inter ili.

وَعَادًا وَثَمُودَ وَأَصْحَابَ الرَّسِّ وَقُرُونًا بَيْنَ ذَٰلِكَ

40. Por ĉiuj Ni faris similaĵojn kaj Ni detruis ĉiujn tute.

41. Certe la Mekkanoj preterpasis ofte la urbon, sur kiun falis la terura pluvo. Ĉu ili ne vidis ĝin? Ne! Ili ne atendas la leviĝon.

42. Kiam ili vidas vin, ili nur mokas vin: "Ĉu estas tiu ĉi, kiun Allah vekis kiel senditon?

43. Vere li preskaŭ estus konvertinta nin for de niaj Dioj, se ni ne estus persisteme fidelaj al ili". Ili ekscios, kiam ili vidos la punon, kiu el ambaŭ devojiĝis.

44. Ĉu vi vidis tiun, kiu prenas kiel Dion siajn proprajn malbonajn pasiojn? Ĉu vi povus esti gardanto super li?

45. Ĉu vi opinias, ke la plej multaj el ili aŭdas aŭ komprenas? Vere ili estas nur kiel la bestaro. Ne! Ili devojiĝis.

46. Ĉu vi ne vidis, kiel via Sinjoro plilongigas la ombron? Se Li volus, Li estus lasinta ĝin senmova. Poste Ni faris la sunon ĝia vojmontrilo,

47. poste Ni altiras ĝin iom post iom al Ni.

48. Estas Li Tiu, kiu kreis por vi la nokton kiel vestaĵon kaj la dormon por ripozi kaj la tagon por la vekiĝo.

49. Estas Li Tiu, kiu antaŭsendas la ventojn kiel portantojn de la bona novaĵo de Lia kompato; kaj Ni sendas puran akvon el la nuboj,

50. por revivigi per ĝi terenon mortintan, kaj por igi trinki el ĝi Nian kreaĵon, la bestaron kaj la homojn multenombrajn.

كَثِيرًا ﴿٣٩﴾
وَكُلًّا ضَرَبْنَا لَهُ الْأَمْثَالَ وَكُلًّا تَبَّرْنَا تَتْبِيرًا ﴿٤٠﴾
وَلَقَدْ أَتَوْا عَلَى الْقَرْيَةِ الَّتِي أُمْطِرَتْ مَطَرَ السَّوْءِ
أَفَلَمْ يَكُونُوا يَرَوْنَهَا بَلْ كَانُوا لَا يَرْجُونَ نُشُورًا ﴿٤١﴾
وَإِذَا رَأَوْكَ إِنْ يَتَّخِذُونَكَ إِلَّا هُزُوًا أَهَٰذَا الَّذِي
بَعَثَ اللَّهُ رَسُولًا ﴿٤٢﴾
إِنْ كَادَ لَيُضِلُّنَا عَنْ آلِهَتِنَا لَوْلَا أَنْ صَبَرْنَا عَلَيْهَا
وَسَوْفَ يَعْلَمُونَ حِينَ يَرَوْنَ الْعَذَابَ مَنْ أَضَلُّ
سَبِيلًا ﴿٤٣﴾
أَرَأَيْتَ مَنِ اتَّخَذَ إِلَٰهَهُ هَوَاهُ أَفَأَنْتَ تَكُونُ
عَلَيْهِ وَكِيلًا ﴿٤٤﴾
أَمْ تَحْسَبُ أَنَّ أَكْثَرَهُمْ يَسْمَعُونَ أَوْ يَعْقِلُونَ إِنْ
ع هُمْ إِلَّا كَالْأَنْعَامِ بَلْ هُمْ أَضَلُّ سَبِيلًا ﴿٤٥﴾
أَلَمْ تَرَ إِلَىٰ رَبِّكَ كَيْفَ مَدَّ الظِّلَّ وَلَوْ شَاءَ لَجَعَلَهُ
سَاكِنًا ثُمَّ جَعَلْنَا الشَّمْسَ عَلَيْهِ دَلِيلًا ﴿٤٦﴾
ثُمَّ قَبَضْنَاهُ إِلَيْنَا قَبْضًا يَسِيرًا ﴿٤٧﴾
وَهُوَ الَّذِي جَعَلَ لَكُمُ اللَّيْلَ لِبَاسًا وَالنَّوْمَ سُبَاتًا
وَجَعَلَ النَّهَارَ نُشُورًا ﴿٤٨﴾
وَهُوَ الَّذِي أَرْسَلَ الرِّيَاحَ بُشْرًا بَيْنَ يَدَيْ رَحْمَتِهِ
وَأَنْزَلْنَا مِنَ السَّمَاءِ مَاءً طَهُورًا ﴿٤٩﴾
لِنُحْيِيَ بِهِ بَلْدَةً مَيْتًا وَنُسْقِيَهُ مِمَّا خَلَقْنَا أَنْعَامًا
وَأَنَاسِيَّ كَثِيرًا ﴿٥٠﴾

51. Ni vere disdonis ĝin inter ilin, por ke ili estu admonitaj. Multaj homoj tamen rifuzis ĉion krom la miskredo.

ولقد صرفناه بينهم ليذكروا فأبى أكثر الناس إلا كفورا (٥١)

52. Se Ni estus volinta, Ni estus vekinta admonanton en ĉiu urbo.

ولو شئنا لبعثنا في كل قرية نذيرا (٥٢)

53. Ne sekvu la miskredantojn, sed batalu kontraŭ ili per la Korano en granda fervoro.

فلا تطع الكافرين وجاهدهم به جهادا كبيرا (٥٣)

54. Estas Li Tiu, kiu igis ambaŭ marojn flui libervole, la unuan bongustan, dolĉan, la alian salan, maldolĉan; kaj inter ambaŭ li estigis barilon kaj netransireblan muron.

وهو الذي مرج البحرين هذا عذب فرات وهذا ملح أجاج وجعل بينهما برزخا وحجرا محجورا (٥٤)

55. Estas Li Tiu, kiu kreis la homon el akvo kaj donis al li samsangecon kaj parencecon; ĉiopova estas via Sinjoro.

وهو الذي خلق من الماء بشرا فجعله نسبا وصهرا وكان ربك قديرا (٥٥)

56. Ili tamen adoras anstataŭ Allahon tion, kio al ili ne povas utili nek malutili. La miskredanto estas helpanto de Satano kontraŭ sia Sinjoro.

ويعبدون من دون الله ما لا ينفعهم ولا يضرهم وكان الكافر على ربه ظهيرا (٥٦)

57. Ni nur sendis vin kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton.

وما أرسلناك إلا مبشرا ونذيرا (٥٧)

58. Diru: "Mi deziras de vi nur unu rekompencon pro tio: ĉiu, kiu volas, sekvu la vojon al sia Sinjoro".

قل ما أسألكم عليه من أجر إلا من شاء أن يتخذ إلى ربه سبيلا (٥٨)

59. Konfidu je la Vivanta, kiu ne mortas, kaj gloru Lin per Lia laŭdo. Li sufiĉe konas la pekojn de Siaj servantoj.

وتوكل على الحي الذي لا يموت وسبح بحمده وكفى به بذنوب عباده خبيرا (٥٩)

60. Li, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron, kaj tion, kio estas inter ili ambaŭ, en ses tagoj, poste sidiĝis sur la tronon. La Donema. Demandu pri Li iun, kiu scias.

الذي خلق السماوات والأرض وما بينهما في ستة أيام ثم استوى على العرش الرحمن فاسأل به خبيرا (٦٠)

61. Kiam estas dirite al ili: "Falu teren antaŭ la Donema", ili diras: "Kio estas la Donema? Cu ni devas fali teren antaŭ io, kion vi ordonas al ni? ". Tio nur pliigas ilian malfavoron.

وإذا قيل لهم اسجدوا للرحمن قالوا وما الرحمن أنسجد لما تأمرنا وزادهم نفورا (٦١)

تبارك الذي جعل في السماء بروجا وجعل فيها

62. Benata estu Li, kiu kreis en la ĉieloj la konstelaciojn kaj estigis en ili lampon kaj brilantan lumon.

63. Estas Li Tiu, kiu kreis la nokton kaj la tagon, sinsekvantajn, por tiu, kiu volas esti pripensanta kaj danka.

64. Servantoj de la Donema estas tiuj, kiuj noble iras sur la tero – kiam ilin alparolas la malkleruloj, ili respondas: "Pacon! " –

65. kiuj pasigas la nokton adorante sian Sinjoron, surgenuiĝante kaj starante,

66. kaj diras: "Nia Sinjoro, forprenu de ni la turmenton de l' infero, vere ĝia turmento estas daŭra.

67. Ĝi vere estas malbonega restadejo kaj loĝejo".

68. Kaj tiam, kiam ili almozdonas, ili estas nek malŝparegaj nek avaraj, sed estas moderaj, en la mezo,

69. kiuj ne alvokas, krom Allahon, aliajn Diojn, kaj ne mortigas vivon, kiun Allah sanktigis, krom laŭleĝe, kaj ne adultas. – Kiu tion faras, ricevos la punon;

70. duobliĝos por li la puno en la tago de la reviviĝo kaj tie li restos en honto,

71. krom tiuj, kiuj pentas kaj kredas kaj faras bonajn farojn, ĉar iliajn malbonajn farojn Allah aliigos en bonajn – Allah estas senkulpigema, pardonema –

72. kaj tiu, kiu pentas kaj bonfaras, tiu vere turnas sin al Allah en vera pento;

73. kaj tiuj, kiuj ne atestas la falson, kaj, kiam ili preterpasas ion vanan, noble ili preterpasas;

74. kaj tiuj, kiuj, kiam ili estas admonataj per la revelacioj de sia Sinjoro, ne falas teren surdaj kaj blindaj;

سِرَاجًا وَقَمَرًا مُّنِيرًا ٦١

وَهُوَ الَّذِي جَعَلَ الَّيْلَ وَالنَّهَارَ خِلْفَةً لِّمَنْ أَرَادَ

أَنْ يَذَّكَّرَ أَوْ أَرَادَ شُكُورًا ٦٢

وَعِبَادُ الرَّحْمٰنِ الَّذِينَ يَمْشُونَ عَلَى الْأَرْضِ هَوْنًا

وَإِذَا خَاطَبَهُمُ الْجٰهِلُونَ قَالُوا سَلٰمًا ٦٣

وَالَّذِينَ يَبِيتُونَ لِرَبِّهِمْ سُجَّدًا وَّقِيَامًا ٦٤

وَالَّذِينَ يَقُولُونَ رَبَّنَا اصْرِفْ عَنَّا عَذَابَ جَهَنَّمَ

إِنَّ عَذَابَهَا كَانَ غَرَامًا ٦٥

إِنَّهَا سَاءَتْ مُسْتَقَرًّا وَّمُقَامًا ٦٦

وَالَّذِينَ إِذَا أَنْفَقُوا لَمْ يُسْرِفُوا وَلَمْ يَقْتُرُوا وَكَانَ

بَيْنَ ذٰلِكَ قَوَامًا ٦٧

وَالَّذِينَ لَا يَدْعُونَ مَعَ اللّٰهِ إِلٰهًا اٰخَرَ وَلَا يَقْتُلُونَ

النَّفْسَ الَّتِي حَرَّمَ اللّٰهُ إِلَّا بِالْحَقِّ وَلَا يَزْنُونَ

وَمَنْ يَفْعَلْ ذٰلِكَ يَلْقَ أَثَامًا ٦٨

يُّضٰعَفْ لَهُ الْعَذَابُ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ وَيَخْلُدْ فِيهِ

مُهَانًا ٦٩

إِلَّا مَنْ تَابَ وَاٰمَنَ وَعَمِلَ عَمَلًا صَالِحًا فَأُولٰئِكَ

يُبَدِّلُ اللّٰهُ سَيِّاٰتِهِمْ حَسَنٰتٍ وَكَانَ اللّٰهُ غَفُورًا

رَّحِيمًا ٧٠

وَمَنْ تَابَ وَعَمِلَ صَالِحًا فَإِنَّهُ يَتُوبُ إِلَى اللّٰهِ

مَتَابًا ٧١

وَالَّذِينَ لَا يَشْهَدُونَ الزُّورَ وَإِذَا مَرُّوا بِاللَّغْوِ

75. kaj tiuj, kiuj diras: ”Nia Sinjoro, konsentu al ni per niaj edzinoj kaj idoj konsolon por la okuloj, kaj faru nin imitindaĵo por la justuloj.

76. Ĉiuj ĉi estos rekompencitaj per la plej alta rango en la Paradizo, ĉar ili estis persistemaj, kaj ili ricevos en ĝi bonajn salutojn kaj pacon,

77. tie por ĉiam restante; belega ĝi estas kiel ripozejo kaj restadejo.

78. Diru: ”Mia Sinjoro ne interesiĝus pri vi, se ne estus viaj preĝoj. Vi ja kulpigis je mensogo kaj la puno baldaŭ estos por vi neevitebla”.

مَرُّوا كِرَامًا ﴿٧٢﴾
وَالَّذِينَ إِذَا ذُكِّرُوا بِآيَاتِ رَبِّهِمْ لَمْ يَخِرُّوا عَلَيْهَا
صُمًّا وَعُمْيَانًا ﴿٧٣﴾
وَالَّذِينَ يَقُولُونَ رَبَّنَا هَبْ لَنَا مِنْ أَزْوَاجِنَا وَ
ذُرِّيَّاتِنَا قُرَّةَ أَعْيُنٍ وَاجْعَلْنَا لِلْمُتَّقِينَ إِمَامًا ﴿٧٤﴾
أُولَٰئِكَ يُجْزَوْنَ الْغُرْفَةَ بِمَا صَبَرُوا وَيُلَقَّوْنَ فِيهَا
تَحِيَّةً وَسَلَامًا ﴿٧٥﴾
خَالِدِينَ فِيهَا حَسُنَتْ مُسْتَقَرًّا وَمُقَامًا ﴿٧٦﴾
قُلْ مَا يَعْبَأُ بِكُمْ رَبِّي لَوْلَا دُعَاؤُكُمْ فَقَدْ
كَذَّبْتُمْ فَسَوْفَ يَكُونُ لِزَامًا ﴿٧٧﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Tŭā, Sīn, Mīm.**

3. Jen estas la versoj de la klara Libro.

4. Eble vi afliktiĝas ĝis la morto, ĉar ili ne fariĝas kredantoj.

5. Se Ni volus, Ni povus sendi al ili signojn el la ĉielo, tiel ke iliaj kapoj devus humiliĝi antaŭ ili.

6. Ĉiam tamen, kiam venas al ili nova admono de la Donema, ili turnas sin for de ĝi.

7. Fakte ili rifuzas ĝin, baldaŭ tamen venos al ili la anonco de tio, kion ili mokis.

8. Ĉu ili ne vidis la teron, kiom multe el ĉiu nobla speco ni kreskigis sur ĝi?

9. Vere en tio estas signo, la plej multaj el ili tamen ne kredas,

10. kaj vere via Sinjoro estas la Ĉiopova, la Pardonema.

11. Memoru, kiam via Sinjoro vokis Moseon: "Iru al la popolo malpiega,

12. al la popolo de Faraono. Ĉu ili ne volas respektegi Dion? ".

13. Li diris: "Ho mia Sinjoro, mi vere timas, ke ili kulpigos min pri mensogo,

بسم الله الرحمن الرحيم ۝١

طسم ۝٢

تلك آيات الكتاب المبين ۝٣

لعلك باخع نفسك ألا يكونوا مؤمنين ۝٤

إن نشأ ننزل عليهم من السماء آية فظلت
أعناقهم لها خاضعين ۝٥

وما يأتيهم من ذكر من الرحمن محدث إلا
كانوا عنه معرضين ۝٦

فقد كذبوا فسيأتيهم أنباء ما كانوا به يستهزئون ۝٧

أولم يروا إلى الأرض كم أنبتنا فيها من كل زوج
كريم ۝٨

إن في ذلك لآية وما كان أكثرهم مؤمنين ۝٩

ع وإن ربك لهو العزيز الرحيم ۝١٠

وإذ نادى ربك موسى أن ائت القوم الظالمين ۝١١

قوم فرعون ألا يتقون ۝١٢

قال رب إني أخاف أن يكذبون ۝١٣

ويضيق صدري ولا ينطلق لساني فأرسل إلى
هارون ۝١٤

ولهم علي ذنب فأخاف أن يقتلون ۝١٥

قال كلا فاذهبا بآياتنا إنا معكم مستمعون ۝١٦

---

* v. la verson 225an

** Puriganta, Ĉioaŭda, Ĉioscia!

14. kaj mia brusto maltrankviliĝis kaj mia lango ne estas elokventa, sendu do al Aaron, por ke li subtenu min;

15. ili ankaŭ havas kulpigon kontraŭ mi, tial mi timas, ke ili mortigos min".

16. Li respondis: "Neniel! Iru do ambaŭ kun Niaj signoj. Ni vere estas kun vi. Ni aŭdas!

17. Iru al Faraono kaj diru: "Ni vere estas la senditoj de la Sinjoro de l' Universo;

18. lasu do la idojn de Izrael iri kun ni"."

19. Tiu diris: "Ĉu ni ne kreskigis vin inter ni kiel filon? Kaj vi pasigis inter ni multajn jarojn de via vivo,

20. kaj nun vi faris, kion vi faris, kaj vi estas sendankulo".

21. Li respondis: "Mi faris tion tiam, kiam mi eraradis,

22. tial mi fuĝis de vi, ĉar mi timis vin; nun tamen donis al mi mia Sinjoro la saĝon kaj Li faris min sendito.

23. Ĉu tiu estas la indulgo, pri kiu vi nun riproĉas min, nome ke vi sklavigis la idojn de Izrael? ".

24. Faraono diris: "Kio estas la Sinjoro de l' Universo? ".

25. Li respondis: "Li estas la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ; se vi nur volus firme kredi! ".

26. Faraono diris al tiuj, kiuj estis ĉirkaŭ li: "Ĉu vi ne aŭdas? ".

27. Li diris: "Via Sinjoro kaj la Sinjoro de viaj prapatroj".

28. Faraono diris: "Vere via sendito, kiu estis sendita al vi, estas frenezulo".

فَأْتِيَا فِرْعَوْنَ فَقُولَآ إِنَّا رَسُولُ رَبِّ الْعَٰلَمِينَ ﴿١٦﴾
أَنْ أَرْسِلْ مَعَنَا بَنِىٓ إِسْرَٰٓءِيلَ ﴿١٧﴾
قَالَ أَلَمْ نُرَبِّكَ فِينَا وَلِيدًا وَلَبِثْتَ فِينَا مِنْ
عُمُرِكَ سِنِينَ ﴿١٨﴾
وَفَعَلْتَ فَعْلَتَكَ الَّتِى فَعَلْتَ وَأَنتَ مِنَ الْكَٰفِرِينَ ﴿١٩﴾
قَالَ فَعَلْتُهَآ إِذًا وَأَنَا۠ مِنَ الضَّآلِّينَ ﴿٢٠﴾
فَفَرَرْتُ مِنكُمْ لَمَّا خِفْتُكُمْ فَوَهَبَ لِى رَبِّى حُكْمًا
وَجَعَلَنِى مِنَ الْمُرْسَلِينَ ﴿٢١﴾
وَتِلْكَ نِعْمَةٌ تَمُنُّهَا عَلَىَّ أَنْ عَبَّدتَّ بَنِىٓ إِسْرَٰٓءِيلَ ﴿٢٢﴾
قَالَ فِرْعَوْنُ وَمَا رَبُّ الْعَٰلَمِينَ ﴿٢٣﴾
قَالَ رَبُّ السَّمَٰوَٰتِ وَالْأَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَآ إِن كُنتُم
مُّوقِنِينَ ﴿٢٤﴾
قَالَ لِمَنْ حَوْلَهُۥٓ أَلَا تَسْتَمِعُونَ ﴿٢٥﴾
قَالَ رَبُّكُمْ وَرَبُّ ءَابَآئِكُمُ الْأَوَّلِينَ ﴿٢٦﴾
قَالَ إِنَّ رَسُولَكُمُ الَّذِىٓ أُرْسِلَ إِلَيْكُمْ لَمَجْنُونٌ ﴿٢٧﴾
قَالَ رَبُّ الْمَشْرِقِ وَالْمَغْرِبِ وَمَا بَيْنَهُمَآ إِن كُنتُمْ
تَعْقِلُونَ ﴿٢٨﴾
قَالَ لَئِنِ اتَّخَذْتَ إِلَٰهًا غَيْرِى لَأَجْعَلَنَّكَ مِنَ
الْمَسْجُونِينَ ﴿٢٩﴾
قَالَ أَوَلَوْ جِئْتُكَ بِشَىْءٍ مُّبِينٍ ﴿٣٠﴾
قَالَ فَأْتِ بِهِۦٓ إِن كُنتَ مِنَ الصَّٰدِقِينَ ﴿٣١﴾
فَأَلْقَىٰ عَصَاهُ فَإِذَا هِىَ ثُعْبَانٌ مُّبِينٌ ﴿٣٢﴾

29. Moseo diris: "La Sinjoro de la Oriento kaj de la Okcidento kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ; se vi nur komprenus! ".

30. Faraono diris: "Se vi prenas al vi alian Dion ol min, mi certe ĵetos vin en malliberejon".

31. Li respondis: "Kiel? Eĉ se mi alportas al vi ion, kio estas evidenta? ".

32. Li diris: "Alportu ĝin do, se vi estas sincera! ".

33. Tiam li ĵetis sian bastonon, kaj jen ĝi fariĝis videbla serpento,

34. kaj li eltiris sian manon, kaj jen ĝi fariĝis blanka por la rigardantoj.

35. Faraono diris al la estroj, kiuj estis ĉirkaŭ li: "Vere ĉi tiu estas sperta sorĉisto.

36. Li volus forpeli vin el via lando per sia magio. Kion vi do konsilas? ".

37. Ili respondis: "Haltigu lin kaj lian fraton, kaj sendu en la urbojn, ke oni

38. alkonduku al vi ĉiujn spertajn sorĉistojn".

39. Tiel estis kunvenigitaj la sorĉistoj je la konvena tempo en la fiksita tago,

40. kaj estis dirite al la popolo: "Ĉu vi do ankaŭ volas kunveni,

41. por ke ni povu sekvi la sorĉistojn, se ili venkos? ".

42. Kiam do alvenis la sorĉistoj, ili diris al Faraono: "Ĉu estos por ni rekompenco, se ni venkos? ".

43. Li respondis: "Jes! Vi estos tiam karaj al mi".

وَنَزَعَ يَدَهُ فَإِذَا هِيَ بَيْضَاءُ لِلنَّاظِرِينَ ٣٣
قَالَ لِلْمَلَإِ حَوْلَهُ إِنَّ هَٰذَا لَسَاحِرٌ عَلِيمٌ ٣٤
يُرِيدُ أَنْ يُخْرِجَكُمْ مِنْ أَرْضِكُمْ بِسِحْرِهِ فَمَاذَا
تَأْمُرُونَ ٣٥
قَالُوا أَرْجِهْ وَأَخَاهُ وَابْعَثْ فِي الْمَدَائِنِ حَاشِرِينَ ٣٦
يَأْتُوكَ بِكُلِّ سَحَّارٍ عَلِيمٍ ٣٧
فَجُمِعَ السَّحَرَةُ لِمِيقَاتِ يَوْمٍ مَعْلُومٍ ٣٨
وَقِيلَ لِلنَّاسِ هَلْ أَنْتُمْ مُجْتَمِعُونَ ٣٩
لَعَلَّنَا نَتَّبِعُ السَّحَرَةَ إِنْ كَانُوا هُمُ الْغَالِبِينَ ٤٠
فَلَمَّا جَاءَ السَّحَرَةُ قَالُوا لِفِرْعَوْنَ أَئِنَّ لَنَا لَأَجْرًا
إِنْ كُنَّا نَحْنُ الْغَالِبِينَ ٤١
قَالَ نَعَمْ وَإِنَّكُمْ إِذًا لَمِنَ الْمُقَرَّبِينَ ٤٢
قَالَ لَهُمْ مُوسَىٰ أَلْقُوا مَا أَنْتُمْ مُلْقُونَ ٤٣
فَأَلْقَوْا حِبَالَهُمْ وَعِصِيَّهُمْ وَقَالُوا بِعِزَّةِ فِرْعَوْنَ
إِنَّا لَنَحْنُ الْغَالِبُونَ ٤٤
فَأَلْقَىٰ مُوسَىٰ عَصَاهُ فَإِذَا هِيَ تَلْقَفُ مَا يَأْفِكُونَ ٤٥
فَأُلْقِيَ السَّحَرَةُ سَاجِدِينَ ٤٦
قَالُوا آمَنَّا بِرَبِّ الْعَالَمِينَ ٤٧
رَبِّ مُوسَىٰ وَهَارُونَ ٤٨
قَالَ آمَنْتُمْ لَهُ قَبْلَ أَنْ آذَنَ لَكُمْ إِنَّهُ لَكَبِيرُكُمُ
الَّذِي عَلَّمَكُمُ السِّحْرَ فَلَسَوْفَ تَعْلَمُونَ لَأُقَطِّعَنَّ
أَيْدِيَكُمْ وَأَرْجُلَكُمْ مِنْ خِلَافٍ وَلَأُصَلِّبَنَّكُمْ

44. Moseo diris al ili: "Ĵetu, kion vi havas por ĵeti! ".

45. Ili do ĵetis siajn ŝnurojn kaj siajn bastonojn kaj diris: "Per la povo de Faraono, ni certe venkos".

46. Tiam Moseo ĵetis sian bastonon kaj jen ĝi englutis tion, kion ili estis farintaj.

47. Tiam la sorĉistoj falis teren, adorante.

48. Ili diris: "Ni kredas je la Sinjoro de l' Universo,

49. la Sinjoro de Moseo kaj de Aaron".

50. Faraono diris: "Vi kredas je Li, antaŭ ol mi permesis tion al vi? Li certe estas via majstro, kiu instruis al vi la magion. Baldaŭ tamen vi ekscios. Vere pro via malobeemo mi detranĉigos viajn manojn kaj piedojn, kaj mi vere krucumigos vin ĉiujn".

51. Ili respondis: "Tio ne estas doloro. Ni ja vere revenos al nia Sinjoro.

52. Ni esperas, ke nia Sinjoro pardonos al ni niajn pekojn, ĉar ni estis la unuaj kredantoj".

53. Ni revelaciis al Moseo: "Konduku Niajn servantojn nokte for, vi certe estos persekutataj",

54. kaj Faraono sendis en la urbojn, ke oni diru:

55. "Vere tiuj estas malgranda grupo,

56. sed ili tamen furiozigis nin,

57. kaj ni vere estas gento multenombra kaj prigardema".

58. Tiel Ni forpelis ilin for de la ĝardenoj kaj de la fontoj

أَجْمَعِينَ ﴿٥٠﴾
قَالُوا لَا ضَيْرَ إِنَّا إِلَىٰ رَبِّنَا مُنقَلِبُونَ ﴿٥١﴾
إِنَّا نَطْمَعُ أَن يَغْفِرَ لَنَا رَبُّنَا خَطَايَانَا أَن كُنَّا أَوَّلَ
الْمُؤْمِنِينَ ﴿٥٢﴾

وَأَوْحَيْنَا إِلَىٰ مُوسَىٰ أَنْ أَسْرِ بِعِبَادِي إِنَّكُم مُّتَّبَعُونَ ﴿٥٣﴾
فَأَرْسَلَ فِرْعَوْنُ فِي الْمَدَائِنِ حَاشِرِينَ ﴿٥٤﴾
إِنَّ هَٰؤُلَاءِ لَشِرْذِمَةٌ قَلِيلُونَ ﴿٥٥﴾
وَإِنَّهُمْ لَنَا لَغَائِظُونَ ﴿٥٦﴾
وَإِنَّا لَجَمِيعٌ حَاذِرُونَ ﴿٥٧﴾
فَأَخْرَجْنَاهُم مِّن جَنَّاتٍ وَعُيُونٍ ﴿٥٨﴾
وَكُنُوزٍ وَمَقَامٍ كَرِيمٍ ﴿٥٩﴾
كَذَٰلِكَ وَأَوْرَثْنَاهَا بَنِي إِسْرَائِيلَ ﴿٦٠﴾
فَأَتْبَعُوهُم مُّشْرِقِينَ ﴿٦١﴾
فَلَمَّا تَرَاءَى الْجَمْعَانِ قَالَ أَصْحَابُ مُوسَىٰ إِنَّا لَمُدْرَكُونَ ﴿٦٢﴾
قَالَ كَلَّا إِنَّ مَعِيَ رَبِّي سَيَهْدِينِ ﴿٦٣﴾
فَأَوْحَيْنَا إِلَىٰ مُوسَىٰ أَنِ اضْرِب بِّعَصَاكَ الْبَحْرَ
فَانفَلَقَ فَكَانَ كُلُّ فِرْقٍ كَالطَّوْدِ الْعَظِيمِ ﴿٦٤﴾
وَأَزْلَفْنَا ثَمَّ الْآخَرِينَ ﴿٦٥﴾

59. kaj de la trezoroj kaj de la belega loĝejo.

60. Tiel estis. Ni donis ilin kiel heredaĵon al la idoj de Izrael,

61. kaj ili persekutis ilin je l' tagiĝo,

62. kaj kiam la du trupoj vidis unu la alian, diris la kunuloj de Moseo: "Ni certe estos atingitaj".

63. Li respondis: "Neniel! Mia Sinjoro vere estas kun mi. Li min bone gvidos".

64. Tiam Ni revelaciis al Moseo: "Frapu la maron per via vergo", kaj ĝi dividiĝis kaj ĉiu parto fariĝis kvazaŭ montego.

65. Kaj Ni lasis la aliajn alveni

66. kaj Ni savis Moseon kaj ĉiujn, kiuj estis kun li,

67. poste Ni dronigis la aliajn.

68. Vere en tio estas signo, tamen la plej multaj el ili ne kredas

69. kaj certe via Sinjoro estas la Ĉiopova, la Pardonema.

70. Rakontu al ili la historion de Abraham,

71. kiam li diris al sia patro kaj al sia popolo: "Kion vi adoras? ".

72. Ili respondis: "Ni adoras idolojn kaj ni ĉiam estas sindonaj al ili".

73. Li diris: "Ĉu ili aŭdas vin, kiam vi ilin vokas?

74. Aŭ ĉu ili utilas aŭ malutilas al vi? ".

75. Ili respondis: "Ne! Sed ni trovis niajn patrojn kun tiu sama kutimo".

وَأَنجَيْنَا مُوسَىٰ وَمَن مَّعَهُۥٓ أَجْمَعِينَ ﴿٦٦﴾

ثُمَّ أَغْرَقْنَا ٱلْـَٔاخَرِينَ ﴿٦٧﴾

إِنَّ فِى ذَٰلِكَ لَـَٔايَةً ۖ وَمَا كَانَ أَكْثَرُهُم مُّؤْمِنِينَ ﴿٦٨﴾

وَإِنَّ رَبَّكَ لَهُوَ ٱلْعَزِيزُ ٱلرَّحِيمُ ﴿٦٩﴾

وَٱتْلُ عَلَيْهِمْ نَبَأَ إِبْرَٰهِيمَ ﴿٧٠﴾

إِذْ قَالَ لِأَبِيهِ وَقَوْمِهِۦ مَا تَعْبُدُونَ ﴿٧١﴾

قَالُوا۟ نَعْبُدُ أَصْنَامًا فَنَظَلُّ لَهَا عَٰكِفِينَ ﴿٧٢﴾

قَالَ هَلْ يَسْمَعُونَكُمْ إِذْ تَدْعُونَ ﴿٧٣﴾

أَوْ يَنفَعُونَكُمْ أَوْ يَضُرُّونَ ﴿٧٤﴾

قَالُوا۟ بَلْ وَجَدْنَآ ءَابَآءَنَا كَذَٰلِكَ يَفْعَلُونَ ﴿٧٥﴾

قَالَ أَفَرَءَيْتُم مَّا كُنتُمْ تَعْبُدُونَ ﴿٧٦﴾

أَنتُمْ وَءَابَآؤُكُمُ ٱلْأَقْدَمُونَ ﴿٧٧﴾

فَإِنَّهُمْ عَدُوٌّ لِّىٓ إِلَّا رَبَّ ٱلْعَٰلَمِينَ ﴿٧٨﴾

ٱلَّذِى خَلَقَنِى فَهُوَ يَهْدِينِ ﴿٧٩﴾

وَٱلَّذِى هُوَ يُطْعِمُنِى وَيَسْقِينِ ﴿٨٠﴾

وَإِذَا مَرِضْتُ فَهُوَ يَشْفِينِ ﴿٨١﴾

وَٱلَّذِى يُمِيتُنِى ثُمَّ يُحْيِينِ ﴿٨٢﴾

76. Li diris: "Ĉu vi do ne vidas, kion vi adoris,

77. vi kaj viaj prapatroj?

78. Ili vere estas miaj malamikoj; tiel tamen ne estas la Sinjoro de l' Universo,

79. kiu kreis min; estas Li Tiu, kiu gvidas min,

80. kaj donas al mi manĝaĵon kaj trinkaĵon.

81. Kiam mi estas malsana, estas Li Tiu, kiu min resanigas,

82. kiu igas min morti, poste revivigas min,

83. kiu – mi esperas – pardonos miajn pekojn en la tago de la lasta Juĝo.

84. Mia Sinjoro, donu al mi la saĝon kaj rigardu min kiel justulon

85. kaj donu al mi bonan famon ĉe la posteuloj,

86. kaj faru min heredanto de la ĝardeno de l' feliĉo;

87. kaj pardonu al mia patro; li vere estis eraranto;

88. ne hontigu min en la tago de la vekiĝo,

89. en la tago, en kiu nek propraĵoj nek filoj utilos,

90. sed nur saviĝos tiu, kiu venos al Allah kun sincera koro".

91. La Paradizo alproksimiĝos al la justuloj

92. kaj la Infero videbliĝos por la delogitoj.

93. Estos dirite al ili: "Kie estas tio, kion vi adoris

وَالَّذِي أَطْمَعُ أَنْ يَغْفِرَ لِي خَطِيئَتِي يَوْمَ الدِّينِ ﴿٨٢﴾

رَبِّ هَبْ لِي حُكْمًا وَأَلْحِقْنِي بِالصَّالِحِينَ ﴿٨٣﴾

وَاجْعَلْ لِي لِسَانَ صِدْقٍ فِي الْآخِرِينَ ﴿٨٤﴾

وَاجْعَلْنِي مِنْ وَرَثَةِ جَنَّةِ النَّعِيمِ ﴿٨٥﴾

وَاغْفِرْ لِأَبِي إِنَّهُ كَانَ مِنَ الضَّالِّينَ ﴿٨٦﴾

وَلَا تُخْزِنِي يَوْمَ يُبْعَثُونَ ﴿٨٧﴾

يَوْمَ لَا يَنْفَعُ مَالٌ وَلَا بَنُونَ ﴿٨٨﴾

إِلَّا مَنْ أَتَى اللَّهَ بِقَلْبٍ سَلِيمٍ ﴿٨٩﴾

وَأُزْلِفَتِ الْجَنَّةُ لِلْمُتَّقِينَ ﴿٩٠﴾

وَبُرِّزَتِ الْجَحِيمُ لِلْغَاوِينَ ﴿٩١﴾

وَقِيلَ لَهُمْ أَيْنَ مَا كُنْتُمْ تَعْبُدُونَ ﴿٩٢﴾

مِنْ دُونِ اللَّهِ هَلْ يَنْصُرُونَكُمْ أَوْ يَنْتَصِرُونَ ﴿٩٣﴾

فَكُبْكِبُوا فِيهَا هُمْ وَالْغَاوُونَ ﴿٩٤﴾

وَجُنُودُ إِبْلِيسَ أَجْمَعُونَ ﴿٩٥﴾

قَالُوا وَهُمْ فِيهَا يَخْتَصِمُونَ ﴿٩٦﴾

تَاللَّهِ إِنْ كُنَّا لَفِي ضَلَالٍ مُبِينٍ ﴿٩٧﴾

إِذْ نُسَوِّيكُمْ بِرَبِّ الْعَالَمِينَ ﴿٩٨﴾

وَمَا أَضَلَّنَا إِلَّا الْمُجْرِمُونَ ﴿٩٩﴾

فَمَا لَنَا مِنْ شَافِعِينَ ﴿١٠٠﴾

وَلَا صَدِيقٍ حَمِيمٍ ﴿١٠١﴾

فَلَوْ أَنَّ لَنَا كَرَّةً فَنَكُونَ مِنَ الْمُؤْمِنِينَ ﴿١٠٢﴾

إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَةً وَمَا كَانَ أَكْثَرُهُمْ مُؤْمِنِينَ ﴿١٠٣﴾

35. Mia frato Aaron estas pli elokventa ol mi per sia lango, do sendu lin kun mi kiel helpanton, por ke li apogu min, ĉar mi timas, ke ili kulpigos min je mensogo".

36. Li diris: "Ni volas plifortigi vian brakon per via frato kaj Ni donos al vi ambaŭ la povon, tiel ke ili ne atingos vin. Iru do kun Niaj signoj; vi ambaŭ kaj tiuj, kiuj estas kun vi, estos la venkantoj".

37. Kiam Moseo venis al ili kun Niaj klaraj signoj, ili diris: "Kio alia estas tio, ol magia trompo? Ni ne aŭdis de niaj prapatroj ion similan".

38. Diris Moseo: "Mia Sinjoro scias, kiu alportis la gvidadon de Li, kaj kiu ricevos la rekompencon de la loĝejo eterna; vere la malpieguloj ne sukcesos".

39. Diris Faraono: "Ho vi, estroj, mi ne konas alian Dion por vi ol Min mem; tial baku por mi, ho Hāmān, brikojn el argilo kaj konstruu por mi turon, por ke mi vidu la Dion de Moseo; mi volas ekscii, ĉu mi devas kredi, ke li estas mensogulo".

40. Li kaj liaj trupoj kondutis fierege en la lando, maljuste, kaj ili imagis, ke ili ne revenos al Ni.

41. Ni tiam ekkaptis lin kaj liajn trupojn kaj ĵetis lin en la mezon de la maro. Vidu do, kiel estas la fino de la malpieguloj!

42. Ni faris ilin gvidantoj, kiuj vokas la homojn al la fajro, kaj en la tago de la reviviĝo ili ne trovos iun ajn helpanton.

43. Ni trafis ilin per malbeno en ĉi tiu vivo kaj en la tago de la reviviĝo ili estos inter la abomenatoj.

---

قَالَ رَبِّ إِنِّي قَتَلْتُ مِنْهُمْ نَفْسًا فَأَخَافُ أَنْ
يَقْتُلُونِ ﴿٣٣﴾
وَأَخِي هَارُونُ هُوَ أَفْصَحُ مِنِّي لِسَانًا فَأَرْسِلْهُ مَعِيَ
رِدْءًا يُصَدِّقُنِي إِنِّي أَخَافُ أَنْ يُكَذِّبُونِ ﴿٣٤﴾
قَالَ سَنَشُدُّ عَضُدَكَ بِأَخِيكَ وَنَجْعَلُ لَكُمَا سُلْطَانًا
فَلَا يَصِلُونَ إِلَيْكُمَا بِآيَاتِنَا أَنْتُمَا وَمَنِ اتَّبَعَكُمَا
الْغَالِبُونَ ﴿٣٥﴾
فَلَمَّا جَاءَهُمْ مُوسَىٰ بِآيَاتِنَا بَيِّنَاتٍ قَالُوا مَا هَٰذَا
إِلَّا سِحْرٌ مُفْتَرًى وَمَا سَمِعْنَا بِهَٰذَا فِي آبَائِنَا
الْأَوَّلِينَ ﴿٣٦﴾
وَقَالَ مُوسَىٰ رَبِّي أَعْلَمُ بِمَنْ جَاءَ بِالْهُدَىٰ مِنْ
عِنْدِهِ وَمَنْ تَكُونُ لَهُ عَاقِبَةُ الدَّارِ إِنَّهُ لَا يُفْلِحُ
الظَّالِمُونَ ﴿٣٧﴾
وَقَالَ فِرْعَوْنُ يَا أَيُّهَا الْمَلَأُ مَا عَلِمْتُ لَكُمْ مِنْ
إِلَٰهٍ غَيْرِي فَأَوْقِدْ لِي يَا هَامَانُ عَلَى الطِّينِ فَاجْعَلْ
لِي صَرْحًا لَعَلِّي أَطَّلِعُ إِلَىٰ إِلَٰهِ مُوسَىٰ وَإِنِّي لَأَظُنُّهُ
مِنَ الْكَاذِبِينَ ﴿٣٨﴾
وَاسْتَكْبَرَ هُوَ وَجُنُودُهُ فِي الْأَرْضِ بِغَيْرِ الْحَقِّ وَ
ظَنُّوا أَنَّهُمْ إِلَيْنَا لَا يُرْجَعُونَ ﴿٣٩﴾
فَأَخَذْنَاهُ وَجُنُودَهُ فَنَبَذْنَاهُمْ فِي الْيَمِّ فَانْظُرْ
كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ الظَّالِمِينَ ﴿٤٠﴾
وَجَعَلْنَاهُمْ أَئِمَّةً يَدْعُونَ إِلَى النَّارِ وَيَوْمَ الْقِيَامَةِ

44. Ni vere donis al Moseo la Libron, post kiam Ni neniigis la antaŭajn generaciojn, kiel ilon por la instruo de la homaro kaj gvidilon kaj favoron, por ke ili estu admonataj.

45. Vi ne estis je la dekstra flanko, kiam Ni donis al Moseo la taskon, kaj vi ankaŭ ne estis inter la ĉeestantoj.

46. Ni tamen estigis generaciojn kaj ili vivis tre longe; kaj vi ne estis inter la popolo de Madjan por proklami al ili Niajn revelaciojn, Ni tamen sendis senditojn.

47. Vi ankaŭ ne estis sur la flanko de la monto, kiam Ni vokis. Ni tamen sendis vin kiel favoron de via Sinjoro, por ke vi admonu popolon, al kiu ne venis admonanto antaŭ vi por ke ili estu admonataj.

48. Ni ne estus sendinta vin, se ne estus, ke ili, kiam malfeliĉo trafas ilin pro tio, kion faris iliaj manoj, diras: "Ho nia Sinjoro, kial vi ne sendis al ni senditon, tiel ke ni povus sekvi Viajn revelaciojn kaj esti kredantoj? "

49. kiam tamen venis al ili la vero de Ni, ili diris: "Kial ne estas donita al li la samo kiel al Moseo? ". Ĉu ili do ne rifuzis jam tion, kio estis donita al Moseo antaŭe? . Tiam ili diris: "Du magioj, kiuj subtenas unu la alian" kaj tiam ili diris: "Ni rifuzas ambaŭ".

50. Diru: "Alportu do Libron de Allah, kiu estu pli bona gvidilo ol ĉi tiuj du*, por ke mi sekvu ĝin, se vi estas sinceraj".

51. Se ili tamen ne respondas al vi, tiam sciu, ke ili nur sekvas siajn malbonajn pasiojn. Kiu do estas pli eraranta ol tiu, kiu sekvas siajn pasiojn sen la gvidado de Allah? Vere Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

---

* Torao kaj Korano

لَا يُنْصَرُونَ ﴿٤١﴾
وَاَتْبَعْنٰهُمْ فِيْ هٰذِهِ الدُّنْيَا لَعْنَةً ۚ وَيَوْمَ الْقِيٰمَةِ هُمْ
مِّنَ الْمَقْبُوْحِيْنَ ﴿٤٢﴾ ع
وَلَقَدْ اٰتَيْنَا مُوْسَى الْكِتٰبَ مِنْۢ بَعْدِ مَآ اَهْلَكْنَا الْقُرُوْنَ
الْاُوْلٰى بَصَآئِرَ لِلنَّاسِ وَهُدًى وَّرَحْمَةً لَّعَلَّهُمْ
يَتَذَكَّرُوْنَ ﴿٤٣﴾
وَمَا كُنْتَ بِجَانِبِ الْغَرْبِيِّ اِذْ قَضَيْنَآ اِلٰى مُوْسَى
الْاَمْرَ وَمَا كُنْتَ مِنَ الشّٰهِدِيْنَ ﴿٤٤﴾
وَلٰكِنَّآ اَنْشَاْنَا قُرُوْنًا فَتَطَاوَلَ عَلَيْهِمُ الْعُمُرُ ۚ وَمَا
كُنْتَ ثَاوِيًا فِيْٓ اَهْلِ مَدْيَنَ تَتْلُوْا عَلَيْهِمْ اٰيٰتِنَا ۙ
وَلٰكِنَّا كُنَّا مُرْسِلِيْنَ ﴿٤٥﴾
وَمَا كُنْتَ بِجَانِبِ الطُّوْرِ اِذْ نَادَيْنَا وَلٰكِنْ رَّحْمَةً
مِّنْ رَّبِّكَ لِتُنْذِرَ قَوْمًا مَّآ اَتٰىهُمْ مِّنْ نَّذِيْرٍ
مِّنْ قَبْلِكَ لَعَلَّهُمْ يَتَذَكَّرُوْنَ ﴿٤٦﴾
وَلَوْلَآ اَنْ تُصِيْبَهُمْ مُّصِيْبَةٌۢ بِمَا قَدَّمَتْ اَيْدِيْهِمْ
فَيَقُوْلُوْا رَبَّنَا لَوْلَآ اَرْسَلْتَ اِلَيْنَا رَسُوْلًا فَنَتَّبِعَ اٰيٰتِكَ
وَنَكُوْنَ مِنَ الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿٤٧﴾
فَلَمَّا جَآءَهُمُ الْحَقُّ مِنْ عِنْدِنَا قَالُوْا لَوْلَآ اُوْتِيَ
مِثْلَ مَآ اُوْتِيَ مُوْسٰى ۚ اَوَلَمْ يَكْفُرُوْا بِمَآ اُوْتِيَ مُوْسٰى
مِنْ قَبْلُ ۚ قَالُوْا سِحْرٰنِ تَظٰهَرَا ۟ وَقَالُوْٓا اِنَّا بِكُلٍّ
كٰفِرُوْنَ ﴿٤٨﴾
قُلْ فَاْتُوْا بِكِتٰبٍ مِّنْ عِنْدِ اللّٰهِ هُوَ اَهْدٰى مِنْهُمَآ

52. Ni vere venigis al ili Nian vorton, por ke ili estu admonataj.

53. Tiuj, al kiuj Ni donis la Libron antaŭe, kredas al ĝi,

54. kaj, kiam ĝi estas proklamata al ili, ili diras: "Ni kredas al ĝi. Vere ĝi estas la vero de nia Sinjoro; jam antaŭe ni submetiĝis".

55. Tiuj ricevos sian rekompencon dufoje, ĉar ili estis persistaj kaj forpelis la malbonon per la bono, kaj disdonas el tio, kion Ni donis al ili.

56. Kiam ili aŭdas vanajn paroladojn, ili turnas sin aliloken kaj diras: "Ni havas niajn farojn kaj vi havas viajn farojn. Pacon al vi! Ni ne serĉas la malklerulojn".

57. Vi ne povas gvidi, kiun vi amas, sed Allah gvidas, kiun Li volas, kaj Li plej bone konas tiujn, kiuj akceptas la gvidadon.

58. Ili diras: "Se ni sekvus la gvidadon kun vi, ni estus forpelitaj el nia lando". Ĉu Ni do ne estigis por ili sekuran restadejon, al kiu estas portataj la fruktoj de ĉiuj aĵoj, kiel provizaĵo de Ni? La plej multaj el ili tamen ne scias tion.

59. Kiom multajn urbojn Ni detruis, pri kies abundo da provizaĵoj ili fanfaronis! Tie estas iliaj loĝejoj, kiuj ne estis loĝitaj post ili, krom malmulte, kaj Ni estas la heredanto.

60. Via Sinjoro ne estus detruinta la urbojn antaŭ ol veki en ilia ĉefurbo senditon, kiu proklamu al ili Niajn revelaciojn, kaj Ni neniam detruis urbojn, se iliaj loĝantoj ne estis plenaj je malpiegeco.

61. Kio estis donita al vi el ĉiuj aĵoj, estas nur provizaĵo por ĉi tiu vivo kaj ĝia ornamaĵo. Tio tamen, kio estas ĉe Allah, estas pli bona kaj daŭra. Ĉu vi do ne volas kompreni?

اَتَّبِعْهُ اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ ﴿٥٠﴾
فَاِنْ لَّمْ يَسْتَجِيْبُوْا لَكَ فَاعْلَمْ اَنَّمَا يَتَّبِعُوْنَ اَهْوَآءَهُمْ
وَمَنْ اَضَلُّ مِمَّنِ اتَّبَعَ هَوٰىهُ بِغَيْرِ هُدًى مِّنَ اللّٰهِ
اِنَّ اللّٰهَ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٥١﴾
وَلَقَدْ وَصَّلْنَا لَهُمُ الْقَوْلَ لَعَلَّهُمْ يَتَذَكَّرُوْنَ ﴿٥٢﴾
اَلَّذِيْنَ اٰتَيْنٰهُمُ الْكِتٰبَ مِنْ قَبْلِهٖ هُمْ بِهٖ يُؤْمِنُوْنَ ﴿٥٣﴾
وَاِذَا يُتْلٰى عَلَيْهِمْ قَالُوْٓا اٰمَنَّا بِهٖٓ اِنَّهُ الْحَقُّ مِنْ رَّبِّنَآ
اِنَّا كُنَّا مِنْ قَبْلِهٖ مُسْلِمِيْنَ ﴿٥٤﴾
اُولٰٓئِكَ يُؤْتَوْنَ اَجْرَهُمْ مَّرَّتَيْنِ بِمَا صَبَرُوْا وَ
يَدْرَءُوْنَ بِالْحَسَنَةِ السَّيِّئَةَ وَمِمَّا رَزَقْنٰهُمْ يُنْفِقُوْنَ ﴿٥٥﴾
وَاِذَا سَمِعُوا اللَّغْوَ اَعْرَضُوْا عَنْهُ وَقَالُوْا لَنَآ اَعْمَالُنَا
وَلَكُمْ اَعْمَالُكُمْ سَلٰمٌ عَلَيْكُمْ لَا نَبْتَغِي الْجٰهِلِيْنَ ﴿٥٦﴾
اِنَّكَ لَا تَهْدِيْ مَنْ اَحْبَبْتَ وَلٰكِنَّ اللّٰهَ يَهْدِيْ مَنْ
يَّشَآءُ وَهُوَ اَعْلَمُ بِالْمُهْتَدِيْنَ ﴿٥٧﴾
وَقَالُوْٓا اِنْ نَّتَّبِعِ الْهُدٰى مَعَكَ نُتَخَطَّفْ مِنْ اَرْضِنَا
اَوَلَمْ نُمَكِّنْ لَّهُمْ حَرَمًا اٰمِنًا يُّجْبٰٓى اِلَيْهِ ثَمَرٰتُ
كُلِّ شَيْءٍ رِّزْقًا مِّنْ لَّدُنَّا وَلٰكِنَّ اَكْثَرَهُمْ لَا يَعْلَمُوْنَ ﴿٥٨﴾
وَكَمْ اَهْلَكْنَا مِنْ قَرْيَةٍۭ بَطِرَتْ مَعِيْشَتَهَا فَتِلْكَ
مَسٰكِنُهُمْ لَمْ تُسْكَنْ مِّنْ بَعْدِهِمْ اِلَّا قَلِيْلًا وَ
كُنَّا نَحْنُ الْوٰرِثِيْنَ ﴿٥٩﴾
وَمَا كَانَ رَبُّكَ مُهْلِكَ الْقُرٰى حَتّٰى يَبْعَثَ فِيْٓ اُمِّهَا
رَسُوْلًا يَّتْلُوْا عَلَيْهِمْ اٰيٰتِنَا وَمَا كُنَّا مُهْلِكِي الْقُرٰٓى

62. Ĉu tiu, al kiu Ni donis belegan promeson, kiun li atingos, estas kiel tiu, kiun Ni provizis per la bonaĵoj de ĉi tiu vivo? Poste tamen, en la tago de la reviviĝo, li estos inter la invititoj.

63. En tiu tago Li vokos ilin kaj diros: "Kie estas Miaj rivaloj, tiuj, kiujn vi imagis? ".

64. Tiuj, kiujn trafos la vorto, diros: "Nia Sinjoro, estas ili tiuj, kiujn ni devojigis. Ni devojigis ilin, kiel ni mem devojiĝis. Nun tamen ni liberiĝas antaŭ Vi. Ne estas ni tiuj, kiujn ili adoris, sed iliaj pasioj".

65. Estos dirite: "Alvoku viajn Diojn! " kaj ili vokos, sed al ili ne estos respondite, kaj ili vidos la punon. Ho, se ili estus sekvintaj la rektan vojon!

66. En tiu tago Li vokos ilin kaj demandos: "Kion vi respondis al la senditoj? ".

67. Tiam, en tiu tago, malklariĝos por ili ĉiuj paroladoj, kaj ili ne kapablos demandi unu la alian.

68. Tiu tamen, kiu pentas kaj kredas kaj bonfaras, – verŝajne li estos sukcesa.

69. Via Sinjoro kreas kaj elektas, kion Li volas. Ne koncernas ilin la elekto. Sankta estas Allah kaj eminenta super tio, kion ili adoras anstataŭ Lin!

70. Via Sinjoro scias, kion kaŝas iliaj brustoj, kaj kion ili malkaŝas.

71. Li estas Allah, ne ekzistas alia Dio ol Li. Al Li apartenas la laŭdego je la komenco kaj je la fino kaj al Li apartenas la juĝo kaj al Li vi revenos.

72. Diru: "Kion vi pensas? Se Allah igus la nokton super vi daŭri ĝis la tago de la reviviĝo, kiu Dio krom Allah kapablus alporti al vi la lumon? Ĉu vi do ne volas aŭdi? ".

إِلَّا وَأَهْلُهَا ظَٰلِمُونَ ٦٠
وَمَآ أُوتِيتُم مِّن شَيْءٍ فَمَتَٰعُ ٱلْحَيَوٰةِ ٱلدُّنْيَا وَ
ع زِينَتُهَا ۚ وَمَا عِندَ ٱللَّهِ خَيْرٌ وَأَبْقَىٰٓ ۚ أَفَلَا تَعْقِلُونَ ٦١
أَفَمَن وَعَدْنَٰهُ وَعْدًا حَسَنًا فَهُوَ لَٰقِيهِ كَمَن مَّتَّعْنَٰهُ
مَتَٰعَ ٱلْحَيَوٰةِ ٱلدُّنْيَا ثُمَّ هُوَ يَوْمَ ٱلْقِيَٰمَةِ مِنَ ٱلْمُحْضَرِينَ ٦٢
وَيَوْمَ يُنَادِيهِمْ فَيَقُولُ أَيْنَ شُرَكَآءِيَ ٱلَّذِينَ
كُنتُمْ تَزْعُمُونَ ٦٣
قَالَ ٱلَّذِينَ حَقَّ عَلَيْهِمُ ٱلْقَوْلُ رَبَّنَا هَٰٓؤُلَآءِ ٱلَّذِينَ
أَغْوَيْنَآ أَغْوَيْنَٰهُمْ كَمَا غَوَيْنَا ۖ تَبَرَّأْنَآ إِلَيْكَ ۖ مَا
كَانُوٓا إِيَّانَا يَعْبُدُونَ ٦٤
وَقِيلَ ٱدْعُوا شُرَكَآءَكُمْ فَدَعَوْهُمْ فَلَمْ يَسْتَجِيبُوا
لَهُمْ وَرَأَوُا ٱلْعَذَابَ ۚ لَوْ أَنَّهُمْ كَانُوا يَهْتَدُونَ ٦٥
وَيَوْمَ يُنَادِيهِمْ فَيَقُولُ مَاذَآ أَجَبْتُمُ ٱلْمُرْسَلِينَ ٦٦
فَعَمِيَتْ عَلَيْهِمُ ٱلْأَنۢبَآءُ يَوْمَئِذٍ فَهُمْ لَا يَتَسَآءَلُونَ ٦٧
فَأَمَّا مَن تَابَ وَءَامَنَ وَعَمِلَ صَٰلِحًا فَعَسَىٰٓ أَن يَكُونَ
مِنَ ٱلْمُفْلِحِينَ ٦٨
وَرَبُّكَ يَخْلُقُ مَا يَشَآءُ وَيَخْتَارُ ۗ مَا كَانَ لَهُمُ ٱلْخِيَرَةُ ۚ
سُبْحَٰنَ ٱللَّهِ وَتَعَٰلَىٰ عَمَّا يُشْرِكُونَ ٦٩
وَرَبُّكَ يَعْلَمُ مَا تُكِنُّ صُدُورُهُمْ وَمَا يُعْلِنُونَ ٧٠
وَهُوَ ٱللَّهُ لَآ إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ ۖ لَهُ ٱلْحَمْدُ فِى ٱلْأُولَىٰ وَٱلْءَاخِرَةِ ۖ
وَلَهُ ٱلْحُكْمُ وَإِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ٧١
قُلْ أَرَءَيْتُمْ إِن جَعَلَ ٱللَّهُ عَلَيْكُمُ ٱلَّيْلَ سَرْمَدًا

73. Diru: "Kion vi pensas? Se Allah igus la tagon super vi daŭri ĝis la tago de la reviviĝo, kiu Dio krom Allah kapablus alporti al vi la nokton, por ke vi ripozu en ĝi? Ĉu vi do ne volas vidi? ".

إِلَىٰ يَوْمِ الْقِيَامَةِ مَنْ إِلَٰهٌ غَيْرُ اللَّهِ يَأْتِيكُم بِضِيَاءٍ ۖ
أَفَلَا تَسْمَعُونَ ﴿٧٢﴾
قُلْ أَرَأَيْتُمْ إِن جَعَلَ اللَّهُ عَلَيْكُمُ النَّهَارَ سَرْمَدًا
إِلَىٰ يَوْمِ الْقِيَامَةِ مَنْ إِلَٰهٌ غَيْرُ اللَّهِ يَأْتِيكُم بِلَيْلٍ
تَسْكُنُونَ فِيهِ ۖ أَفَلَا تُبْصِرُونَ ﴿٧٣﴾

74. Pro Sia graco Li kreis por vi la nokton kaj la tagon, por ke vi ripozu en ĝi kaj por ke vi strebu al Lia graco kaj por ke vi estu dankaj.

وَمِن رَّحْمَتِهِ جَعَلَ لَكُمُ اللَّيْلَ وَالنَّهَارَ لِتَسْكُنُوا
فِيهِ وَلِتَبْتَغُوا مِن فَضْلِهِ وَلَعَلَّكُمْ تَشْكُرُونَ ﴿٧٤﴾

75. En tiu tago Li vokos ilin kaj diros: "Kie estas Miaj rivaloj, kiujn vi imagis? ".

وَيَوْمَ يُنَادِيهِمْ فَيَقُولُ أَيْنَ شُرَكَائِيَ الَّذِينَ كُنتُمْ
تَزْعُمُونَ ﴿٧٥﴾

76. Ni elektos el ĉiu popolo unu atestanton kaj diros: "Alportu vian pruvon". Tiam ili ekscios, ke la vero apartenas al Allah kaj perdiĝos por ili tio, kion ili elpensis.

وَنَزَعْنَا مِن كُلِّ أُمَّةٍ شَهِيدًا فَقُلْنَا هَاتُوا بُرْهَانَكُمْ
ع فَعَلِمُوا أَنَّ الْحَقَّ لِلَّهِ وَضَلَّ عَنْهُم مَّا كَانُوا يَفْتَرُونَ ﴿٧٦﴾

77. Vere Kārūn estis unu el la popolo de Moseo, sed li subpremis ilin, kaj Ni estis doninta al li tiom multe da trezoroj, ke iliaj ŝlosiloj estus peza ŝarĝo por grupo de fortuloj. Kiam lia popolo diris al li: "Ne troigu je ĝojo, ĉar Allah ne amas la troigantojn,

إِنَّ قَارُونَ كَانَ مِن قَوْمِ مُوسَىٰ فَبَغَىٰ عَلَيْهِمْ ۖ وَآتَيْنَاهُ
مِنَ الْكُنُوزِ مَا إِنَّ مَفَاتِحَهُ لَتَنُوأُ بِالْعُصْبَةِ أُولِي
الْقُوَّةِ إِذْ قَالَ لَهُ قَوْمُهُ لَا تَفْرَحْ ۖ إِنَّ اللَّهَ لَا يُحِبُّ
الْفَرِحِينَ ﴿٧٧﴾

78. sed serĉu en tio, kion Allah donis al vi, la restadejon por la vivo venonta; ne malŝatu tamen vian parton en ĉi tiu vivo, kaj bonfaru kiel Allah bonfaras al vi, kaj ne deziregu la malpacon sur la tero, ĉar vere Allah ne amas la malpacemulojn"

وَابْتَغِ فِيمَا آتَاكَ اللَّهُ الدَّارَ الْآخِرَةَ ۖ وَلَا تَنسَ
نَصِيبَكَ مِنَ الدُّنْيَا ۖ وَأَحْسِن كَمَا أَحْسَنَ اللَّهُ
إِلَيْكَ ۖ وَلَا تَبْغِ الْفَسَادَ فِي الْأَرْضِ ۖ إِنَّ اللَّهَ لَا يُحِبُّ
الْمُفْسِدِينَ ﴿٧٨﴾

79. li respondis: "Tio estis donita al mi pro la scio, kiun mi posedas". Ĉu li do ne sciis, ke Allah jam antaŭe pereigis generaciojn, kiuj estis pli fortaj ol li je povo kaj pli grandaj je riĉeco? Kaj la kulpuloj ne estos demanditaj pri siaj pekoj.

قَالَ إِنَّمَا أُوتِيتُهُ عَلَىٰ عِلْمٍ عِندِي ۚ أَوَلَمْ يَعْلَمْ أَنَّ
اللَّهَ قَدْ أَهْلَكَ مِن قَبْلِهِ مِنَ الْقُرُونِ مَنْ هُوَ أَشَدُّ
مِنْهُ قُوَّةً وَأَكْثَرُ جَمْعًا ۚ وَلَا يُسْأَلُ عَن ذُنُوبِهِمُ

80. Li do eliris al sia popolo en siaj ornamaĵoj, kaj diris tiuj, kiuj strebis al ĉi tiu vivo: "Ho, se ni posedus tion, kio estis donita al Kārūn! Vere li estas posedanto de grandega feliĉo! ".

81. Tiuj tamen, al kiuj estis donita la vera scio, diris: "Ve al vi! La rekompenco de Allah estas pli bona por tiu, kiu kredas kaj bonfaras. Ĝin tamen nur atingos la persistemuloj".

82. Ni tiam igis la teron engluti lin kaj lian domon, kaj li havis neniun trupon por helpi lin kontraŭ Allah, kaj li ne kapablis savi sin.

83. La sekvantan matenon, tiuj, kiuj la antaŭan tagon deziris esti kiel li, diris: "Ho vidu! Estas vere Allah, kiu pliigas kaj malpliigas la provizaĵojn, por kiu Li volas el Siaj servantoj. Se Allah ne estus kompatema al ni, Li estus iginta la teron engluti nin. Ho vidu! La miskredantoj ne sukcesos! ".

84. Tiu hejmo en la vivo venonta! Ni donas ĝin al tiuj, kiuj ne volas plialtigi sin sur la tero, kaj ne volas malbonon. La feliĉa fino estas por la justuloj.

85. Kiu plenumas bonon, tiu ricevos eĉ pli bonan rekompencon ol tion, sed kiu plenumas malbonon! Ne estos donita al tiuj, kiuj malbonfaras alia repago ol pro tio, kion ili faris.

86. Vere Tiu, kiu faris la Koranon deviga por vi, rekondukos vin al la loko destinita por la reveno. Diru: "Mia Sinjoro scias plej bone, kiu estas sur la rekta vojo, kaj kiu troviĝas en evidenta eraro".

87. Vi mem ne kuraĝis esperi, ke estos revelaciita al vi la Libro; estis ja graco de via Sinjoro, tial neniam estos subteno por la miskredantoj.

الْمُجْرِمُونَ ﴿٧٩﴾
فَخَرَجَ عَلَىٰ قَوْمِهِ فِي زِينَتِهِ ۖ قَالَ الَّذِينَ يُرِيدُونَ
الْحَيَاةَ الدُّنْيَا يَا لَيْتَ لَنَا مِثْلَ مَا أُوتِيَ قَارُونُ
إِنَّهُ لَذُو حَظٍّ عَظِيمٍ ﴿٨٠﴾
وَقَالَ الَّذِينَ أُوتُوا الْعِلْمَ وَيْلَكُمْ ثَوَابُ اللَّهِ خَيْرٌ
لِمَنْ آمَنَ وَعَمِلَ صَالِحًا ۚ وَلَا يُلَقَّاهَا إِلَّا الصَّابِرُونَ ﴿٨١﴾
فَخَسَفْنَا بِهِ وَبِدَارِهِ الْأَرْضَ فَمَا كَانَ لَهُ مِنْ فِئَةٍ
يَنْصُرُونَهُ مِنْ دُونِ اللَّهِ وَمَا كَانَ مِنَ الْمُنْتَصِرِينَ ﴿٨٢﴾
وَأَصْبَحَ الَّذِينَ تَمَنَّوْا مَكَانَهُ بِالْأَمْسِ يَقُولُونَ وَيْكَأَنَّ
اللَّهَ يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَشَاءُ مِنْ عِبَادِهِ وَيَقْدِرُ ۖ
لَوْلَا أَنْ مَنَّ اللَّهُ عَلَيْنَا لَخَسَفَ بِنَا ۖ وَيْكَأَنَّهُ لَا يُفْلِحُ
ع الْكَافِرُونَ ﴿٨٣﴾
تِلْكَ الدَّارُ الْآخِرَةُ نَجْعَلُهَا لِلَّذِينَ لَا يُرِيدُونَ عُلُوًّا
فِي الْأَرْضِ وَلَا فَسَادًا ۚ وَالْعَاقِبَةُ لِلْمُتَّقِينَ ﴿٨٤﴾
مَنْ جَاءَ بِالْحَسَنَةِ فَلَهُ خَيْرٌ مِنْهَا ۖ وَمَنْ جَاءَ بِالسَّيِّئَةِ
فَلَا يُجْزَى الَّذِينَ عَمِلُوا السَّيِّئَاتِ إِلَّا مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٨٥﴾
إِنَّ الَّذِي فَرَضَ عَلَيْكَ الْقُرْآنَ لَرَادُّكَ إِلَىٰ مَعَادٍ ۚ
قُلْ رَبِّي أَعْلَمُ مَنْ جَاءَ بِالْهُدَىٰ وَمَنْ هُوَ فِي
ضَلَالٍ مُبِينٍ ﴿٨٦﴾
وَمَا كُنْتَ تَرْجُو أَنْ يُلْقَىٰ إِلَيْكَ الْكِتَابُ إِلَّا رَحْمَةً
مِنْ رَبِّكَ ۖ فَلَا تَكُونَنَّ ظَهِيرًا لِلْكَافِرِينَ ﴿٨٧﴾
وَلَا يَصُدُّنَّكَ عَنْ آيَاتِ اللَّهِ بَعْدَ إِذْ أُنْزِلَتْ إِلَيْكَ

88. Ne lasu iun ajn devojigi vin de la revelacioj de Allah, post kiam ili estas senditaj al vi, kaj voku vian Sinjoron kaj ne estu idolano.

89. Ne voku anstataŭ Allahon alian Dion. Ne ekzistas alia Dio ol Li. Ciuj aĵoj estas pasemaj, krom Li. Al Li apartenas la juĝo, kaj al Li vi revenos.

وَادْعُ إِلَىٰ رَبِّكَ وَلَا تَكُونَنَّ مِنَ الْمُشْرِكِينَ ﴿٨٨﴾
وَلَا تَدْعُ مَعَ اللَّهِ إِلَٰهًا آخَرَ لَا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ كُلُّ
شَيْءٍ هَالِكٌ إِلَّا وَجْهَهُ لَهُ الْحُكْمُ وَإِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿٨٩﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Mīm.**

3. Ĉu la homoj imagas, ke oni lasos ilin en paco, se ili nur diras: "Ni kredas" kaj ke ili ne estos elprovitaj?

4. Ni tamen elprovis tiujn, kiuj estis antaŭe, ĉar Allah certe distingos la sincerulojn kaj Li certe distingos la mensogulojn.

5. Ĉu imagas tiuj, kiuj malbonfaras, ke ili fuĝos de Ni? Malbone estas, kiel ili juĝas!

6. Kiu esperas je la renkonto kun Allah, tiu sciu, ke la templimo fiksita de Allah alvenos. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

7. Kiu strebas, tiu faras tion por si mem. Vere Allah estas sendependa de l' Universo.

8. Tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras – vere Ni forprenos de ili iliajn pekojn kaj Ni bonege rekompencos ilin pro tio, kion ili faris.

9. Ni ordonis al la homoj konduti bone al siaj gepatroj. Se ili tamen volus instigi vin aldoni al Mi kiel rivalon ion, pri kio vi ne havas scion, tiam ne obeu ilin. Al Mi estos via reveno kaj Mi volas anonci al vi, kion vi faris.

10. Tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, Ni kondukos ilin al la socio de la justuloj.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
الٓمّٓ ②
اَحَسِبَ النَّاسُ اَنْ يُّتْرَكُوْٓا اَنْ يَّقُوْلُوْٓا اٰمَنَّا وَهُمْ
لَا يُفْتَنُوْنَ ③
وَلَقَدْ فَتَنَّا الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ فَلَيَعْلَمَنَّ اللّٰهُ الَّذِيْنَ
صَدَقُوْا وَلَيَعْلَمَنَّ الْكٰذِبِيْنَ ④
اَمْ حَسِبَ الَّذِيْنَ يَعْمَلُوْنَ السَّيِّاٰتِ اَنْ يَّسْبِقُوْنَا ط
سَآءَ مَا يَحْكُمُوْنَ ⑤
مَنْ كَانَ يَرْجُوْا لِقَآءَ اللّٰهِ فَاِنَّ اَجَلَ اللّٰهِ لَاٰتٍ ط
وَهُوَ السَّمِيْعُ الْعَلِيْمُ ⑥
وَمَنْ جَاهَدَ فَاِنَّمَا يُجَاهِدُ لِنَفْسِهٖ اِنَّ اللّٰهَ لَغَنِيٌّ
عَنِ الْعٰلَمِيْنَ ⑦
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَنُكَفِّرَنَّ عَنْهُمْ
سَيِّاٰتِهِمْ وَلَنَجْزِيَنَّهُمْ اَحْسَنَ الَّذِيْ كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ ⑧
وَوَصَّيْنَا الْاِنْسَانَ بِوَالِدَيْهِ حُسْنًا وَاِنْ جَاهَدٰكَ
لِتُشْرِكَ بِيْ مَا لَيْسَ لَكَ بِهٖ عِلْمٌ فَلَا تُطِعْهُمَا اِلَيَّ
مَرْجِعُكُمْ فَاُنَبِّئُكُمْ بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ⑨
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَنُدْخِلَنَّهُمْ فِي
الصّٰلِحِيْنَ ⑩

---

* v. la verson 42an

** Mi, Allah, Ĉioscia

11. Inter la homoj estas iuj, kiuj diras: "Ni kredas je Allah", sed kiam ili devas suferi pro la afero de Allah, ili rigardas la persekuton de la homoj kiel punon de Allah. Kiam tamen venas helpo de via Sinjoro, ili certe diras: "Ni vere estas kun vi". Ĉu do Allah ne scias plej bone, kio estas en la brustoj de ĉiuj kreitaĵoj?

وَمِنَ النَّاسِ مَنْ يَّقُوْلُ اٰمَنَّا بِاللّٰهِ فَاِذَآ اُوْذِيَ فِي
اللّٰهِ جَعَلَ فِتْنَةَ النَّاسِ كَعَذَابِ اللّٰهِ ؕ وَلَئِنْ جَآءَ
نَصْرٌ مِّنْ رَّبِّكَ لَيَقُوْلُنَّ اِنَّا كُنَّا مَعَكُمْ ؕ اَوَلَيْسَ اللّٰهُ
بِاَعْلَمَ بِمَا فِيْ صُدُوْرِ الْعٰلَمِيْنَ ﴿١١﴾

12. Allah certe distingos la kredantojn, kaj Li certe distingos la hipokritulojn.

وَلَيَعْلَمَنَّ اللّٰهُ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَلَيَعْلَمَنَّ الْمُنٰفِقِيْنَ ﴿١٢﴾

13. La miskredantoj diras al la kredantoj: "Sekvu nian vojon kaj ni portos viajn pekojn". Ili tamen nenion kapablas porti el iliaj pekoj. Ili vere estas mensoguloj.

وَقَالَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لِلَّذِيْنَ اٰمَنُوا اتَّبِعُوْا سَبِيْلَنَا
وَلْنَحْمِلْ خَطٰيٰكُمْ ؕ وَمَا هُمْ بِحٰمِلِيْنَ مِنْ خَطٰيٰهُمْ
مِّنْ شَيْءٍ ؕ اِنَّهُمْ لَكٰذِبُوْنَ ﴿١٣﴾

14. Ili certe devos porti siajn proprajn ŝarĝojn kaj ankaŭ aliajn ŝarĝojn aldone al siaj ŝarĝoj, kaj certe estos demandite en la tago de la reviviĝo pri tio, kion ili elpensis.

وَلَيَحْمِلُنَّ اَثْقَالَهُمْ وَاَثْقَالًا مَّعَ اَثْقَالِهِمْ ؗ وَلَيُسْئَلُنَّ
ع يَوْمَ الْقِيٰمَةِ عَمَّا كَانُوْا يَفْتَرُوْنَ ﴿١٤﴾

15. Ni certe sendis Noan al lia popolo kaj li vivis inter ili mil jarojn minus kvindek jaroj. Tiam trafis ilin la diluvo, ĉar ili estis pekeguloj.

وَلَقَدْ اَرْسَلْنَا نُوْحًا اِلٰى قَوْمِهٖ فَلَبِثَ فِيْهِمْ اَلْفَ
سَنَةٍ اِلَّا خَمْسِيْنَ عَامًا ؕ فَاَخَذَهُمُ الطُّوْفَانُ وَ
هُمْ ظٰلِمُوْنَ ﴿١٥﴾

16. Lin tamen Ni savis kaj ankaŭ la loĝantojn de la arkeo kaj Ni faris ĝin signo por la tuta homaro.

فَاَنْجَيْنٰهُ وَاَصْحٰبَ السَّفِيْنَةِ وَجَعَلْنٰهَآ اٰيَةً لِّلْعٰلَمِيْنَ ﴿١٦﴾

17. Kaj Ni sendis Abrahamon, kiam li diris al sia popolo: "Adoru Allahon kaj respektegu Lin. Tio estas pli bona por vi. Se vi nur scius!

وَاِبْرٰهِيْمَ اِذْ قَالَ لِقَوْمِهِ اعْبُدُوا اللّٰهَ وَاتَّقُوْهُ ؕ
ذٰلِكُمْ خَيْرٌ لَّكُمْ اِنْ كُنْتُمْ تَعْلَمُوْنَ ﴿١٧﴾

18. Vi vere adoras, anstataŭ Allahon, idolojn, kaj vi elpensas mensogojn. Tiuj, kiujn vi adoras anstataŭ Allahon, ne kapablas provizi vian vivtenon. Serĉu do provizaĵojn ĉe Allah kaj adoru Lin kaj estu dankaj al Li. Al Li vi revenos.

اِنَّمَا تَعْبُدُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ اَوْثَانًا وَّتَخْلُقُوْنَ
اِفْكًا ؕ اِنَّ الَّذِيْنَ تَعْبُدُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ لَا يَمْلِكُوْنَ
لَكُمْ رِزْقًا فَابْتَغُوْا عِنْدَ اللّٰهِ الرِّزْقَ وَاعْبُدُوْهُ
وَاشْكُرُوْا لَهٗ ؕ اِلَيْهِ تُرْجَعُوْنَ ﴿١٨﴾

19. Se vi tamen rifuzas, tiel ankaŭ rifuzis generacioj antaŭ vi. La senditon nur koncernas la klara anonco".

وَاِنْ تُكَذِّبُوْا فَقَدْ كَذَّبَ اُمَمٌ مِّنْ قَبْلِكُمْ ؕ وَمَا
عَلَى الرَّسُوْلِ اِلَّا الْبَلٰغُ الْمُبِيْنُ ﴿١٩﴾

20. Ĉu ili ne vidas, kiel Allah estigas la kreon, kaj poste denove estigas ĝin? Vere tio estas facila por Allah.

أَوَلَمْ يَرَوْا كَيْفَ يُبْدِئُ اللّٰهُ الْخَلْقَ ثُمَّ يُعِيدُهُ
إِنَّ ذٰلِكَ عَلَى اللّٰهِ يَسِيرٌ ﴿٢٠﴾

21. Diru: "Vojaĝu sur la tero kaj vidu, kiel Li unuafoje estigis la kreon. Poste Allah estigos la sekvantan kreon". Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

قُلْ سِيرُوا فِي الْأَرْضِ فَانْظُرُوا كَيْفَ بَدَأَ الْخَلْقَ
ثُمَّ اللّٰهُ يُنْشِئُ النَّشْأَةَ الْآخِرَةَ إِنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ
شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٢١﴾

22. Li punas, kiun Li volas, kaj Li kompatas al kiu Li volas, kaj al Li vi devos turni vin.

يُعَذِّبُ مَنْ يَشَاءُ وَيَرْحَمُ مَنْ يَشَاءُ وَإِلَيْهِ تُقْلَبُونَ ﴿٢٢﴾

23. Vi neniam kapablos vanigi sur la tero nek en la ĉielo Lian povon kaj vi ne havas protektanton aŭ helpanton krom Allah.

وَمَا أَنْتُمْ بِمُعْجِزِينَ فِي الْأَرْضِ وَلَا فِي السَّمَاءِ وَ
ع مَا لَكُمْ مِنْ دُونِ اللّٰهِ مِنْ وَلِيٍّ وَلَا نَصِيرٍ ﴿٢٣﴾

وَالَّذِينَ كَفَرُوا بِآيَاتِ اللّٰهِ وَلِقَائِهِ أُولٰئِكَ
يَئِسُوا مِنْ رَحْمَتِي وَأُولٰئِكَ لَهُمْ عَذَابٌ
أَلِيمٌ ﴿٢٤﴾

24. Tiuj, kiuj rifuzas la revelaciojn de Allah kaj ne kredas al la renkonto kun Li, malesperas je Mia kompato kaj por ili estos dolora puno.

25. La respondo de lia popolo estis nur, ke ili diris: "Mortigu lin aŭ bruligu lin". Allah tamen savis lin de la fajro. En tio vere estas signo por popolo kredanta.

فَمَا كَانَ جَوَابَ قَوْمِهِ إِلَّا أَنْ قَالُوا اقْتُلُوهُ أَوْ حَرِّقُوهُ
فَأَنْجٰهُ اللّٰهُ مِنَ النَّارِ إِنَّ فِي ذٰلِكَ لَآيَاتٍ لِقَوْمٍ
يُؤْمِنُونَ ﴿٢٥﴾

26. Li diris: "Vere vi prenis al vi idolojn anstataŭ Allah pro amo reciproka en ĉi tiu vivo. Poste en la tago de la reviviĝo vi malkonfesos unu la alian kaj vi malbenos unu la alian. Via restadejo estos la fajro kaj vi ne havos iujn ajn helpantojn".

وَقَالَ إِنَّمَا اتَّخَذْتُمْ مِنْ دُونِ اللّٰهِ أَوْثَانًا مَوَدَّةَ
بَيْنِكُمْ فِي الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا ثُمَّ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ يَكْفُرُ
بَعْضُكُمْ بِبَعْضٍ وَيَلْعَنُ بَعْضُكُمْ بَعْضًا وَمَأْوٰكُمُ
النَّارُ وَمَا لَكُمْ مِنْ نَاصِرِينَ ﴿٢٦﴾

27. Lot kredis al li kaj Abraham diris: "Vere mi fuĝas al mia Sinjoro. Li vere estas la Ĉiopova, la Saĝa".

فَآمَنَ لَهُ لُوطٌ وَقَالَ إِنِّي مُهَاجِرٌ إِلٰى رَبِّي إِنَّهُ
هُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿٢٧﴾

28. Ni donacis al li Isaakon kaj Jakobon kaj Ni donis al liaj idoj la donacon de la profetado kaj la Libron kaj Ni donis al li lian rekompencon en ĉi tiu vivo kaj li certe en la vivo venonta estos inter la virtuloj.

وَوَهَبْنَا لَهُ إِسْحٰقَ وَيَعْقُوبَ وَجَعَلْنَا فِي ذُرِّيَّتِهِ
النُّبُوَّةَ وَالْكِتٰبَ وَآتَيْنٰهُ أَجْرَهُ فِي الدُّنْيَا وَإِنَّهُ فِي

29. Kaj Ni sendis Loton, kiam li diris al sia popolo: ”Vere vi faras hontindaĵon, kiun neniu, el la tuta homaro, antaŭe faris.

30. Ĉu vi vere volas alproksimiĝi volupte al viroj kaj rabadi sur la vojoj? Kaj en viaj kunvenoj vi plenumas abomenindaĵojn”. La respondo de lia popolo tamen estis nur, ke ili diris: ”Alvoku la punon de Allah sur nin, se vi estas sincera! ”.

31. Li diris: ”Mia Sinjoro, helpu min kontraŭ la popolo de la skandalfarantoj! ”.

32. Kiam Niaj senditoj venis al Abraham kaj portis al li la bonan novaĵon, ili diris: ”Ni vere detruos la loĝantojn de ĉi tiu urbo, ĉar ĝiaj loĝantoj estas malpieguloj”.

33. Li diris: ”En ĝi tamen estas Lot”, kaj ili respondis: ”Ni bone scias, kiu estas en ĝi. Certe ni savos lin kaj lian familion krom lia edzino; ŝi apartenas al tiuj, kiuj restos malantaŭe”.

34. Kiam venis Niaj senditoj al Lot, li zorgis pri ili kaj sentis sin senhelpa pri ili. Ili diris: ”Ne timu kaj ne ĉagreniĝu. Ni vere volas savi vin kaj vian familion krom via edzino, ĉar ŝi apartenas al tiuj, kiuj restos malantaŭe.

35. Ni vere volas sendi sur la loĝantojn de ĉi tiu urbo juĝon el la ĉielo, ĉar ili estis ribelemaj”.

36. Ni postlasis vere klaran signon de tio por popolo komprenanta.

37. Al Madjan Ni sendis ilian fraton Ŝu’ajb, kaj li diris: ”Ho mia popolo! Adoru Allahon kaj timu la lastan Juĝon kaj ne fariĝu krimuloj, estigante skandalon sur la tero”.

38. Ili tamen kulpigis lin je mensogo, kaj ilin trafis tertremo, kaj ili kuŝis sur la tero en siaj domoj;

الْاٰخِرَةِ لَمِنَ الصّٰلِحِيْنَ ﴿٢٨﴾
وَلُوْطًا اِذْ قَالَ لِقَوْمِهٖۤ اِنَّكُمْ لَتَاْتُوْنَ الْفَاحِشَةَ ۫ مَا
سَبَقَكُمْ بِهَا مِنْ اَحَدٍ مِّنَ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٢٩﴾
اَئِنَّكُمْ لَتَاْتُوْنَ الرِّجَالَ وَتَقْطَعُوْنَ السَّبِيْلَ ۙ۬ وَ
تَاْتُوْنَ فِيْ نَادِيْكُمُ الْمُنْكَرَ ؕ فَمَا كَانَ جَوَابَ قَوْمِهٖۤ
اِلَّاۤ اَنْ قَالُوا ائْتِنَا بِعَذَابِ اللّٰهِ اِنْ كُنْتَ مِنَ
الصّٰدِقِيْنَ ﴿٣٠﴾
قَالَ رَبِّ انْصُرْنِيْ عَلَى الْقَوْمِ الْمُفْسِدِيْنَ ﴿٣١﴾
وَلَمَّا جَآءَتْ رُسُلُنَاۤ اِبْرٰهِيْمَ بِالْبُشْرٰى ۙ قَالُوْۤا اِنَّا
مُهْلِكُوْۤا اَهْلِ هٰذِهِ الْقَرْيَةِ ۚ اِنَّ اَهْلَهَا كَانُوْا
ظٰلِمِيْنَ ﴿٣٢﴾
قَالَ اِنَّ فِيْهَا لُوْطًا ؕ قَالُوْا نَحْنُ اَعْلَمُ بِمَنْ فِيْهَا ٝ
لَنُنَجِّيَنَّهٗ وَاَهْلَهٗۤ اِلَّا امْرَاَتَهٗ ۫ كَانَتْ مِنَ
الْغٰبِرِيْنَ ﴿٣٣﴾
وَلَمَّاۤ اَنْ جَآءَتْ رُسُلُنَا لُوْطًا سِيْٓءَ بِهِمْ وَضَاقَ بِهِمْ
ذَرْعًا وَّقَالُوْا لَا تَخَفْ وَلَا تَحْزَنْ ۫ اِنَّا مُنَجُّوْكَ وَاَهْلَكَ
اِلَّا امْرَاَتَكَ كَانَتْ مِنَ الْغٰبِرِيْنَ ﴿٣٤﴾
اِنَّا مُنْزِلُوْنَ عَلٰۤى اَهْلِ هٰذِهِ الْقَرْيَةِ رِجْزًا مِّنَ السَّمَآءِ
بِمَا كَانُوْا يَفْسُقُوْنَ ﴿٣٥﴾
وَلَقَدْ تَّرَكْنَا مِنْهَاۤ اٰيَةً ۢ بَيِّنَةً لِّقَوْمٍ يَّعْقِلُوْنَ ﴿٣٦﴾
وَاِلٰى مَدْيَنَ اَخَاهُمْ شُعَيْبًا ۙ فَقَالَ يٰقَوْمِ اعْبُدُوا اللّٰهَ
وَارْجُوا الْيَوْمَ الْاٰخِرَ وَلَا تَعْثَوْا فِي الْاَرْضِ مُفْسِدِيْنَ ﴿٣٧﴾

39. kaj Ni detruis la Aadanojn kaj Tamudon, kaj tio estas evidenta por vi ĉe iliaj loĝejoj; Satano igis iliajn agojn ŝajni belaj al ili, kaj li devojigis ilin de la rekta vojo, kvankam ili tre bone vidis.

40. Ni detruis ankaŭ Kārūnon kaj Faraonon kaj Hāmānon. Moseo vere venis al ili kun evidentaj signoj, sed ili kondutis fierege en la lando. Ili tamen ne kapablis fuĝi.

41. Ĉiun pekulon Ni ekkaptis en lia peko, kaj inter ili estis iuj, al kiuj Ni sendis hajlon el ŝtonoj, kaj iuj, kiujn trafis la kriego, kaj iuj, kiujn Ni englutigis per la tero. kaj iuj, kiujn Ni dronigis. Allah ne volis agi maljuste al ili, sed ili agis maljuste kontraŭ si mem.

42. La similaĵo de tiuj, kiuj prenas al si protektantojn anstataŭ Allah, estas kiel la similaĵo de la araneo, kiu konstruas domon; vere la plej facilrompa el ĉiuj domoj estas la domo de la araneo. Se ili nur scius!

43. Vere Allah bone scias ĉion, kion ili alvokas anstataŭLin,kaj Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

44. Tiuj estas la similaĵoj, kiujn Ni estigas por la homaro, sed ili ne komprenas ilin, krom tiuj, kiuj vere scias.

45. Allah kreis la ĉielojn kaj la teron per Sia vero. Vere en tio estas signo por la kredantoj!

*

Fino de la 20-a parto

فَكَذَّبُوهُ فَأَخَذَتْهُمُ الرَّجْفَةُ فَأَصْبَحُوا فِي دَارِهِمْ جٰثِمِينَ ﴿٣٨﴾
وَعَادًا وَّثَمُودَا۟ وَقَدْ تَّبَيَّنَ لَكُمْ مِّنْ مَّسٰكِنِهِمْ وَزَيَّنَ لَهُمُ الشَّيْطٰنُ أَعْمَالَهُمْ فَصَدَّهُمْ عَنِ السَّبِيلِ وَكَانُوا مُسْتَبْصِرِينَ ﴿٣٩﴾
وَقَارُونَ وَفِرْعَوْنَ وَهَامٰنَ وَلَقَدْ جَآءَهُمْ مُّوسٰى بِالْبَيِّنٰتِ فَاسْتَكْبَرُوا فِي الْأَرْضِ وَمَا كَانُوا سٰبِقِينَ ﴿٤٠﴾
فَكُلًّا أَخَذْنَا بِذَنْبِهِ فَمِنْهُمْ مَّنْ أَرْسَلْنَا عَلَيْهِ حَاصِبًا وَمِنْهُمْ مَّنْ أَخَذَتْهُ الصَّيْحَةُ وَمِنْهُمْ مَّنْ خَسَفْنَا بِهِ الْأَرْضَ وَمِنْهُمْ مَّنْ أَغْرَقْنَا وَمَا كَانَ اللّٰهُ لِيَظْلِمَهُمْ وَلٰكِنْ كَانُوا أَنْفُسَهُمْ يَظْلِمُونَ ﴿٤١﴾
مَثَلُ الَّذِينَ اتَّخَذُوا مِنْ دُونِ اللّٰهِ أَوْلِيَآءَ كَمَثَلِ الْعَنْكَبُوتِ اتَّخَذَتْ بَيْتًا وَإِنَّ أَوْهَنَ الْبُيُوتِ لَبَيْتُ الْعَنْكَبُوتِ لَوْ كَانُوا يَعْلَمُونَ ﴿٤٢﴾
إِنَّ اللّٰهَ يَعْلَمُ مَا يَدْعُونَ مِنْ دُونِهِ مِنْ شَيْءٍ وَهُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿٤٣﴾
وَتِلْكَ الْأَمْثَالُ نَضْرِبُهَا لِلنَّاسِ وَمَا يَعْقِلُهَا إِلَّا الْعٰلِمُونَ ﴿٤٤﴾
خَلَقَ اللّٰهُ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضَ بِالْحَقِّ إِنَّ فِي ذٰلِكَ لَآيَةً لِّلْمُؤْمِنِينَ ﴿٤٥﴾ ع
اُتْلُ مَآ أُوحِيَ إِلَيْكَ مِنَ الْكِتٰبِ وَأَقِمِ الصَّلٰوةَ إِنَّ الصَّلٰوةَ تَنْهٰى عَنِ الْفَحْشَآءِ وَالْمُنْكَرِ وَلَذِكْرُ اللّٰهِ الجزء ٢١

46. Proklamu tion, kio estis revelaciita al vi el la Libro, kaj levu la preĝon; vere la preĝo malhelpas la hontindaĵojn kaj la maljustecon. La penso pri Allah estas la plej granda virto kaj Allah scias, kion vi faras.

47. Ne disputu kun la popolo de la Skribo, krom bonmaniere; kun la maljustuloj el ili vi tute ne disputu. Diru: "Ni kredas je tio, kio estis sendita al ni, kaj je tio, kio estis sendita al vi; nia Dio kaj via Dio estas Unu kaj ni submetiĝis al Li".

48. Tiel Ni sendis al vi la Libron kaj tiuj, al kiuj Ni donis la Libron, kredas al ĝi. Ankaŭ inter tiuj ĉi estas iuj, kiuj kredas al ĝi. Niajn signojn rifuzas nur la miskredantoj.

49. Antaŭ tio vi neniam recitis el Libro, kaj vi ankaŭ ne povis skribi ĝin per via dekstra mano; alie la negantoj povus dubi.

50. Ne! Estas klaraj signoj en la brustoj de tiuj, al kiuj estis donita la vera scio, kaj nur la maljustuloj rifuzus Niajn signojn.

51. Ili diras: "Kial ne estis senditaj al li la signoj de lia Sinjoro? ". Diru: "Vere la signoj estas nur ĉe Allah, kaj mi estas nur klariga admonanto".

52. Ĉu ne sufiĉas al ili, ke Ni sendis al vi la Libron, kiu estas proklamata al ili? Vere en tio estas kompato kaj admono por popolo kredanta.

53. Diru: "Allah sufiĉas kiel atestanto inter mi kaj vi. Li scias, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Tiuj, kiuj akceptas la falson kaj ne kredas je Allah, tiuj estas la perdantoj".

54. Ili petas vin, ke vi akcelu la punon. Se ne estus fiksita limtempo, la puno estus jam trafinta ilin, kaj ĝi venos sur ilin neatendita, kaj ili ne antaŭsentos ĝin.

55. Ili petas vin, ke vi akcelu la punon, kaj vere la infero ĉirkaŭos la miskredantojn

أَكْبَرُ ۗ وَاللَّهُ يَعْلَمُ مَا تَصْنَعُونَ ﴿٤٥﴾
وَلَا تُجَادِلُوا أَهْلَ الْكِتَابِ إِلَّا بِالَّتِي هِيَ أَحْسَنُ إِلَّا الَّذِينَ
ظَلَمُوا مِنْهُمْ ۖ وَقُولُوا آمَنَّا بِالَّذِي أُنْزِلَ إِلَيْنَا وَأُنْزِلَ
إِلَيْكُمْ وَإِلَٰهُنَا وَإِلَٰهُكُمْ وَاحِدٌ وَنَحْنُ لَهُ مُسْلِمُونَ ﴿٤٦﴾
وَكَذَٰلِكَ أَنْزَلْنَا إِلَيْكَ الْكِتَابَ ۚ فَالَّذِينَ آتَيْنَاهُمُ الْكِتَابَ
يُؤْمِنُونَ بِهِ ۖ وَمِنْ هَٰؤُلَاءِ مَنْ يُؤْمِنُ بِهِ ۚ وَمَا يَجْحَدُ
بِآيَاتِنَا إِلَّا الْكَافِرُونَ ﴿٤٧﴾
وَمَا كُنْتَ تَتْلُو مِنْ قَبْلِهِ مِنْ كِتَابٍ وَلَا تَخُطُّهُ بِيَمِينِكَ
إِذًا لَارْتَابَ الْمُبْطِلُونَ ﴿٤٨﴾
بَلْ هُوَ آيَاتٌ بَيِّنَاتٌ فِي صُدُورِ الَّذِينَ أُوتُوا الْعِلْمَ ۚ
وَمَا يَجْحَدُ بِآيَاتِنَا إِلَّا الظَّالِمُونَ ﴿٤٩﴾
وَقَالُوا لَوْلَا أُنْزِلَ عَلَيْهِ آيَاتٌ مِنْ رَبِّهِ ۖ قُلْ إِنَّمَا
الْآيَاتُ عِنْدَ اللَّهِ وَإِنَّمَا أَنَا نَذِيرٌ مُبِينٌ ﴿٥٠﴾
أَوَلَمْ يَكْفِهِمْ أَنَّا أَنْزَلْنَا عَلَيْكَ الْكِتَابَ يُتْلَىٰ عَلَيْهِمْ ۚ
إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَرَحْمَةً وَذِكْرَىٰ لِقَوْمٍ يُؤْمِنُونَ ﴿٥١﴾ ع
قُلْ كَفَىٰ بِاللَّهِ بَيْنِي وَبَيْنَكُمْ شَهِيدًا ۖ يَعْلَمُ مَا فِي
السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۗ وَالَّذِينَ آمَنُوا بِالْبَاطِلِ وَكَفَرُوا
بِاللَّهِ أُولَٰئِكَ هُمُ الْخَاسِرُونَ ﴿٥٢﴾
وَيَسْتَعْجِلُونَكَ بِالْعَذَابِ ۚ وَلَوْلَا أَجَلٌ مُسَمًّى لَجَاءَهُمُ
الْعَذَابُ وَلَيَأْتِيَنَّهُمْ بَغْتَةً وَهُمْ لَا يَشْعُرُونَ ﴿٥٣﴾
يَسْتَعْجِلُونَكَ بِالْعَذَابِ وَإِنَّ جَهَنَّمَ لَمُحِيطَةٌ بِالْكَافِرِينَ ﴿٥٤﴾
يَوْمَ يَغْشَاهُمُ الْعَذَابُ مِنْ فَوْقِهِمْ وَمِنْ تَحْتِ

56. en la tago, en kiu la puno renversos ilin de supre kaj de sube de iliaj piedoj, kaj Li diros: "Gustumu nun, kion vi faris! ".

57. Ho Miaj servantoj, vi kiuj kredas, vere vastega estas Mia lando, do adoru nur Min.

58. Ĉiu kreitaĵo gustumos la morton, poste vi revenos al Ni.

59. Kaj tiujn, kiuj kredas kaj bonfaras, Ni levos en la suprajn spacojn de la Paradizo, sub kiuj fluas riveroj. Tie ili restos por ĉiam. Belega estos la rekompenco por la bonfarantoj,

60. kiuj estas paciencaj kaj konfidas je sia Sinjoro.

61. Estas iu besto, kiu ne kapablas zorgi pri sia vivteno, Allah tamen provizas ĝin kaj ankaŭ vin. Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

62. Se vi demandas ilin: "Kiu kreis la ĉielojn kaj la teron kaj faris la sunon kaj la lunon utilaj? ", ili certe respondos: "Allah! ". Kial do ili turnas sin for?

63. Allah pliigas kaj malpliigas la provizaĵojn por tiu el Siaj servantoj, kiun Li volas. Vere Allah scias ĉion.

64. Se vi demandas ilin: "Kiu sendas akvon el la nuboj kaj revivigas per ĝi la teron, post kiam ĝi mortis? " certe ili respondos: "Allah! ". Diru: "Estu laŭdegata Allah". Ne! La plej multaj el ili ne komprenas!

65. Ĉi tiu vivo estas nur vana amuzado kaj ludo, sed vere la hejmo de la vivo venonta – tiu vere estas vivo! Se ili nur scius!

66. Kiam ili enŝipiĝas, ili alvokas Allahon en sincera obeemo al Li, sed kiam Li portis ilin save al la marbordo, jen, ili aldonas al Li rivalojn,

أَرْجُلِهِمْ وَيَقُولُ ذُوقُوا مَا كُنْتُمْ تَعْمَلُونَ ﴿٥٦﴾
يٰعِبَادِيَ الَّذِينَ اٰمَنُوٓا إِنَّ أَرْضِي وَاسِعَةٌ فَإِيَّايَ
فَاعْبُدُونِ ﴿٥٧﴾
كُلُّ نَفْسٍ ذَآئِقَةُ الْمَوْتِ ثُمَّ إِلَيْنَا تُرْجَعُونَ ﴿٥٨﴾
وَالَّذِينَ اٰمَنُوا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَنُبَوِّئَنَّهُمْ مِّنَ
الْجَنَّةِ غُرَفًا تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْأَنْهٰرُ خٰلِدِينَ فِيهَا
نِعْمَ أَجْرُ الْعٰمِلِينَ ﴿٥٩﴾
الَّذِينَ صَبَرُوا وَعَلٰى رَبِّهِمْ يَتَوَكَّلُونَ ﴿٦٠﴾
وَكَأَيِّنْ مِّنْ دَآبَّةٍ لَّا تَحْمِلُ رِزْقَهَا اللّٰهُ يَرْزُقُهَا
وَإِيَّاكُمْ وَهُوَ السَّمِيعُ الْعَلِيمُ ﴿٦١﴾
وَلَئِنْ سَأَلْتَهُمْ مَّنْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضَ وَسَخَّرَ
الشَّمْسَ وَالْقَمَرَ لَيَقُولُنَّ اللّٰهُ فَأَنّٰى يُؤْفَكُونَ ﴿٦٢﴾
اللّٰهُ يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَّشَآءُ مِنْ عِبَادِهِ وَيَقْدِرُ
لَهُ إِنَّ اللّٰهَ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمٌ ﴿٦٣﴾
وَلَئِنْ سَأَلْتَهُمْ مَّنْ نَّزَّلَ مِنَ السَّمَآءِ مَآءً فَأَحْيَا بِهِ
الْأَرْضَ مِنْ بَعْدِ مَوْتِهَا لَيَقُولُنَّ اللّٰهُ قُلِ الْحَمْدُ
لِلّٰهِ بَلْ أَكْثَرُهُمْ لَا يَعْقِلُونَ ﴿٦٤﴾ ع
وَمَا هٰذِهِ الْحَيٰوةُ الدُّنْيَآ إِلَّا لَهْوٌ وَّلَعِبٌ وَإِنَّ
الدَّارَ الْاٰخِرَةَ لَهِيَ الْحَيَوَانُ لَوْ كَانُوا يَعْلَمُونَ ﴿٦٥﴾
فَإِذَا رَكِبُوا فِي الْفُلْكِ دَعَوُا اللّٰهَ مُخْلِصِينَ لَهُ الدِّينَ
فَلَمَّا نَجّٰىهُمْ إِلَى الْبَرِّ إِذَا هُمْ يُشْرِكُونَ ﴿٦٦﴾
لِيَكْفُرُوا بِمَآ اٰتَيْنٰهُمْ وَلِيَتَمَتَّعُوا فَسَوْفَ يَعْلَمُونَ ﴿٦٧﴾

67. por negi tion, kion Ni donis al ili, kaj por ĝui. Baldaŭ ili tamen ekscios!

68. Ĉu ili ne vidis, ke Ni faris sekura por ili la Sanktan Lokon, dum la homoj ĉirkaŭ ili estas forprenitaj? Ĉu ili ankoraŭ volas kredi la falson kaj rifuzi la favoron de Allah?

69. Kiu estas pli malpiega ol tiu, kiu elpensas mensogojn kontraŭ Allah, aŭ rifuzas la veron, kiam ĝi venas al li? Ĉu ne estas restadejo en la infero por la miskredantoj?

70. Tiujn, kiuj strebas por Nia afero, Ni gvidos sur Niajn vojojn. Vere Allah estas kun tiuj, kiuj bonfaras.

أَوَلَمْ يَرَوْا أَنَّا جَعَلْنَا حَرَمًا آمِنًا وَيُتَخَطَّفُ النَّاسُ مِنْ
حَوْلِهِمْ ۚ أَفَبِالْبَاطِلِ يُؤْمِنُونَ وَبِنِعْمَةِ اللَّهِ يَكْفُرُونَ ﴿٦٨﴾
وَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنِ افْتَرَىٰ عَلَى اللَّهِ كَذِبًا أَوْ كَذَّبَ
بِالْحَقِّ لَمَّا جَاءَهُ ۚ أَلَيْسَ فِي جَهَنَّمَ مَثْوًى لِلْكَافِرِينَ ﴿٦٩﴾
وَالَّذِينَ جَاهَدُوا فِينَا لَنَهْدِيَنَّهُمْ سُبُلَنَا ۚ وَإِنَّ اللَّهَ
لَمَعَ الْمُحْسِنِينَ ﴿٧٠﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Mīm.*

3. Venkitaj estas la Romanoj**

4. en la lando samlima, sed post ilia malvenko ili venkos

5. post malmultaj jaroj – la suvereneco, antaŭe kaj poste, apartenas al Allah – kaj en tiu tago la kredantoj ĝojegos

6. per la helpo de Allah. Li helpas, kiun Li volas. Li estas la Ĉiopova, la Pardonema.

7. Allah donis Sian promeson. Allah ne rompas Sian promeson, sed la plej multaj homoj ne scias tion.

8. Ili konas nur la eksteran aspekton de ĉi tiu vivo, sed ili tute ignoras la vivon venontan.

9. Ĉu ili ne pripensis en sia interno, ke Allah kreis la ĉielojn kaj la teron kaj tion, kio estas inter ambaŭ, nur en Sia vero kaj por difinita tempo? Vere multaj inter la homoj ne volas kredi al la renkonto kun sia Sinjoro.

10. Ĉu ili do ne vojaĝis sur la tero por vidi, kiel estis la fino de tiuj, kiuj estis antaŭ ili? Tiuj estis pli fortaj ol ili je povo, kaj ili fosis la teron kaj ili kulturigis ĝin pli bone, ol ili faris, kaj al ili venis senditoj kun evidentaj signoj. Allah ne estis maljusta kontraŭ ili, sed ili estis maljustaj kontraŭ si mem.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

الٓمّٓ (٢)

غُلِبَتِ الرُّوْمُ (٣)

فِيْٓ اَدْنَى الْاَرْضِ وَهُمْ مِّنْ بَعْدِ غَلَبِهِمْ سَيَغْلِبُوْنَ (٤)

فِيْ بِضْعِ سِنِيْنَ لِلّٰهِ الْاَمْرُ مِنْ قَبْلُ وَمِنْ بَعْدُ
وَيَوْمَىِٕذٍ يَّفْرَحُ الْمُؤْمِنُوْنَ (٥)

بِنَصْرِ اللّٰهِ يَنْصُرُ مَنْ يَّشَاۗءُ وَهُوَ الْعَزِيْزُ الرَّحِيْمُ (٦)

وَعْدَ اللّٰهِ لَا يُخْلِفُ اللّٰهُ وَعْدَهٗ وَلٰكِنَّ اَكْثَرَ النَّاسِ
لَا يَعْلَمُوْنَ (٧)

يَعْلَمُوْنَ ظَاهِرًا مِّنَ الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا وَهُمْ عَنِ
الْاٰخِرَةِ هُمْ غٰفِلُوْنَ (٨)

اَوَلَمْ يَتَفَكَّرُوْا فِيْٓ اَنْفُسِهِمْ مَا خَلَقَ اللّٰهُ السَّمٰوٰتِ
وَالْاَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَآ اِلَّا بِالْحَقِّ وَاَجَلٍ مُّسَمًّى
وَاِنَّ كَثِيْرًا مِّنَ النَّاسِ بِلِقَاۗئِ رَبِّهِمْ لَكٰفِرُوْنَ (٩)

اَوَلَمْ يَسِيْرُوْا فِي الْاَرْضِ فَيَنْظُرُوْا كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ
الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ كَانُوْٓا اَشَدَّ مِنْهُمْ قُوَّةً وَّاَثَارُوا
الْاَرْضَ وَعَمَرُوْهَآ اَكْثَرَ مِمَّا عَمَرُوْهَا وَجَاۗءَتْهُمْ
رُسُلُهُمْ بِالْبَيِّنٰتِ فَمَا كَانَ اللّٰهُ لِيَظْلِمَهُمْ وَلٰكِنْ
كَانُوْٓا اَنْفُسَهُمْ يَظْلِمُوْنَ (١٠)

---

* Mi, Allah, Ĉioscia

** Bizancanoj

11. Poste malbonega estis la fino de tiuj, kiuj malbonfaris, ĉar ili rifuzis la signojn de Allah kaj kutimis moki pri ili.

ثُمَّ كَانَ عَاقِبَةَ الَّذِينَ أَسَاءُوا السُّوأَىٰ أَن كَذَّبُوا بِآيَاتِ اللَّهِ وَكَانُوا بِهَا يَسْتَهْزِئُونَ ﴿١١﴾

12. Allah estigas la kreon, poste daŭrigas ĝian estigon. Al Li ili revenos.

اللَّهُ يَبْدَأُ الْخَلْقَ ثُمَّ يُعِيدُهُ ثُمَّ إِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿١٢﴾

13. En la tago, en kiu venos la "Horo", malesperos la kulpuloj.

وَيَوْمَ تَقُومُ السَّاعَةُ يُبْلِسُ الْمُجْرِمُونَ ﴿١٣﴾

14. Neniu el iliaj Dioj estos ilia propetanto kaj ili negos siajn Diojn.

وَلَمْ يَكُن لَّهُم مِّن شُرَكَائِهِمْ شُفَعَاءُ وَكَانُوا بِشُرَكَائِهِمْ كَافِرِينَ ﴿١٤﴾

15. En la tago, en kiu venos la "Horo", en tiu tago ili estos dividitaj.

وَيَوْمَ تَقُومُ السَّاعَةُ يَوْمَئِذٍ يَتَفَرَّقُونَ ﴿١٥﴾

16. Pri tiuj, kiuj kredis kaj bonfaris, sciu, ke ili estos feliĉaj en rava ĝardeno.

فَأَمَّا الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ فَهُمْ فِي رَوْضَةٍ يُحْبَرُونَ ﴿١٦﴾

17. Pri tiuj, kiuj nekredis kaj negis Niajn signojn kaj la renkonton en la vivo venonta, sciu, ke ili estos forportitaj en la punon.

وَأَمَّا الَّذِينَ كَفَرُوا وَكَذَّبُوا بِآيَاتِنَا وَلِقَاءِ الْآخِرَةِ فَأُولَٰئِكَ فِي الْعَذَابِ مُحْضَرُونَ ﴿١٧﴾

18. Estu do laŭdegata Allah, kiam vi eniras vespere kaj kiam vi eliras matene.

فَسُبْحَانَ اللَّهِ حِينَ تُمْسُونَ وَحِينَ تُصْبِحُونَ ﴿١٨﴾

19. Al Li apartenas la laŭdego en la ĉieloj kaj sur la tero, posttagmeze, kaj kiam vi vidas la sunsubiron.

وَلَهُ الْحَمْدُ فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَعَشِيًّا وَحِينَ تُظْهِرُونَ ﴿١٩﴾

20. Li estigas vivantojn el la mortintoj kaj estigas mortintojn el la vivantoj, kaj Li revivigas la teron, post kiam ĝi mortis. Tiel vi revenos.

يُخْرِجُ الْحَيَّ مِنَ الْمَيِّتِ وَيُخْرِجُ الْمَيِّتَ مِنَ الْحَيِّ وَيُحْيِي الْأَرْضَ بَعْدَ مَوْتِهَا ۚ وَكَذَٰلِكَ تُخْرَجُونَ ﴿٢٠﴾

21. Unu el Liaj signoj estas, ke Li kreis vin el polvo, poste – jen – vi estas homoj multiĝantaj.

وَمِنْ آيَاتِهِ أَنْ خَلَقَكُم مِّن تُرَابٍ ثُمَّ إِذَا أَنتُم بَشَرٌ تَنتَشِرُونَ ﴿٢١﴾

22. Unu el Liaj signoj estas, ke Li kreis por vi edzinojn el vi mem, por ke vi konfidu je ili, kaj Li estigis inter vi amon kaj kompaton. Vere en tio estas signo por popolo pripensema.

وَمِنْ آيَاتِهِ أَنْ خَلَقَ لَكُم مِّنْ أَنفُسِكُمْ أَزْوَاجًا لِّتَسْكُنُوا إِلَيْهَا وَجَعَلَ بَيْنَكُم مَّوَدَّةً وَرَحْمَةً ۚ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِّقَوْمٍ يَتَفَكَّرُونَ ﴿٢٢﴾

23. Unu el Liaj signoj estas la kreo de la ĉieloj kaj de la tero, kaj la diverseco de viaj lingvoj kaj haŭtkoloroj. Vere en tio estas signo por la kreitaĵoj.

24. Unu el Liaj signoj estas via dormo, nokte kaj tage, kaj via strebado al Lia graco. Vere en tio estas signo por popolo aŭdanta.

25. Unu el Liaj signoj estas, ke Li montras al vi la fulmon kiel timindaĵon kaj esperindaĵon, kaj sendas el la nuboj akvon kaj revivigas per ĝi la teron, post kiam ĝi mortis. Vere en tio estas signo por popolo, kiu komprenas.

26. Unu el Liaj signoj estas, ke la ĉielo kaj la tero staras firme pro Lia ordono. Poste, kiam Li per voko vokos vin el la tero, jen vi eliros.

27. Al Li apartenas, kiu estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Ĉiuj estas obeaj al Li.

28. Estas Li Tiu, kiu estigas la kreon, poste reestigas ĝin, kaj tio estas plej facila por Li. Al Li apartenas la plej eminenta similaĵo en la ĉieloj kaj sur la tero. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

29. Li prezentas al vi similaĵon pri vi mem, Ĉu vi havas inter tiuj, kiujn posedas via dekstra mano, kunulojn je tio, kion Ni donis al vi, tiel ke ili estas egalaj al vi, kaj ke vi timas ilin, kiel vi timas unu la alian? Tiel Ni klarigas la signojn por popolo, kiu komprenas.*

30. Ne! La malpieguloj sekvas siajn malbonajn pasiojn sen scio. Kiu do povas gvidi tiun, kiun Allah lasas erari? Por ili ne estas helpantoj.

---

* Interpreto: Se estas evidente, ke estro kaj sklavo ne estas egalaj, kvankam ambaŭ estas homoj, kiel vi povas supozi, ke Allah estas egala al la idoloj el ligno aŭ ŝtono, kiujn la idolanoj adoras?

وَمِنْ اٰيٰتِهٖ خَلْقُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَاخْتِلَافُ
اَلْسِنَتِكُمْ وَاَلْوَانِكُمْ ۭ اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيٰتٍ لِّلْعٰلِمِيْنَ ﴿٢٣﴾
وَمِنْ اٰيٰتِهٖ مَنَامُكُمْ بِالَّيْلِ وَالنَّهَارِ وَابْتِغَاۗؤُكُمْ
مِّنْ فَضْلِهٖ ۭ اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيٰتٍ لِّقَوْمٍ يَّسْمَعُوْنَ ﴿٢٤﴾
وَمِنْ اٰيٰتِهٖ يُرِيْكُمُ الْبَرْقَ خَوْفًا وَّطَمَعًا وَّيُنَزِّلُ
مِنَ السَّمَاۗءِ مَاۗءً فَيُحْيٖ بِهِ الْاَرْضَ بَعْدَ مَوْتِهَا ۭ
اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيٰتٍ لِّقَوْمٍ يَّعْقِلُوْنَ ﴿٢٥﴾
وَمِنْ اٰيٰتِهٖٓ اَنْ تَقُوْمَ السَّمَاۗءُ وَالْاَرْضُ بِاَمْرِهٖ ۭ ثُمَّ
اِذَا دَعَاكُمْ دَعْوَةً ڰ مِّنَ الْاَرْضِ ڰ اِذَآ اَنْتُمْ
تَخْرُجُوْنَ ﴿٢٦﴾
وَلَهٗ مَنْ فِي السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۭ كُلٌّ لَّهٗ قٰنِتُوْنَ ﴿٢٧﴾
وَهُوَ الَّذِيْ يَبْدَؤُا الْخَلْقَ ثُمَّ يُعِيْدُهٗ وَهُوَ اَهْوَنُ
عَلَيْهِ ۭ وَلَهُ الْمَثَلُ الْاَعْلٰى فِي السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۚ
وَهُوَ الْعَزِيْزُ الْحَكِيْمُ ﴿٢٨﴾ ع
ضَرَبَ لَكُمْ مَّثَلًا مِّنْ اَنْفُسِكُمْ ۭ هَلْ لَّكُمْ مِّنْ مَّا
مَلَكَتْ اَيْمَانُكُمْ مِّنْ شُرَكَاۗءَ فِيْ مَا رَزَقْنٰكُمْ فَاَنْتُمْ
فِيْهِ سَوَاۗءٌ تَخَافُوْنَهُمْ كَخِيْفَتِكُمْ اَنْفُسَكُمْ ۭ كَذٰلِكَ
نُفَصِّلُ الْاٰيٰتِ لِقَوْمٍ يَّعْقِلُوْنَ ﴿٢٩﴾
بَلِ اتَّبَعَ الَّذِيْنَ ظَلَمُوْٓا اَهْوَاۗءَهُمْ بِغَيْرِ عِلْمٍ ۚ فَمَنْ
يَّهْدِيْ مَنْ اَضَلَّ اللّٰهُ ۭ وَمَا لَهُمْ مِّنْ نّٰصِرِيْنَ ﴿٣٠﴾
فَاَقِمْ وَجْهَكَ لِلدِّيْنِ حَنِيْفًا ۭ فِطْرَتَ اللّٰهِ الَّتِيْ فَطَرَ
النَّاسَ عَلَيْهَا ۭ لَا تَبْدِيْلَ لِخَلْقِ اللّٰهِ ۭ ذٰلِكَ الدِّيْنُ

31. Turnu vian vizaĝon al la religio kiel justulo kaj al la naturo kreita de Allah, en kiu Li kreis la homaron. Ne estas ŝanĝo en la kreo de Allah. Tiu estas la ĉiama religio, la plej multaj homoj tamen ne scias.

32. Turnu vin al Li kaj respektegu Lin kaj levu la preĝon kaj ne estu idolanoj,

33. kiel tiuj, kiuj dividas sian kredon kaj dividiĝas en partiojn – ĉiu partio ĝojas pro tio, kion ĝi posedas.

34. Kiam malfeliĉo trafas la homojn, ili vokas sian Sinjoron turnante sin al Li, poste tamen, kiam Li gustumigas al ili Sian favoron, jen iuj el ili aldonas rivalojn al Li,

35. por negi tion, kion Ni donis al ili. Ĝojegu do iome, baldaŭ vi ekscios!

36. Ĉu Ni sendis al ili aŭtoritaton, kiu garantius tion, kion ili aldonis al Li kiel rivalon?

37. Kiam Ni gustumigas al la homoj la favoron, ili ĝojas pro ĝi. Se ilin tamen trafas malfeliĉo pro tio, kion faris iliaj manoj, tiam ili malesperas.

38. Ĉu ili do ne vidis, ke Allah pliigas kaj malpliigas la rimedojn por la vivteno, de kiu Li volas? Vere en tio estas signo por popolo kredanta.

39. Donu do al la parenco tion, kio apartenas al li, kaj ankaŭ al la malriĉuloj kaj al la vojiranto. Tio estas plej bona por tiuj, kiuj deziregas vidi la vizaĝon de Allah. Tiuj estos sukcesaj.

40. Tio, kion vi pruntedonas kun procentego, por ke ĝi pliiĝu en la propraĵoj de la homoj, ne pliiĝos antaŭ Allah; tio tamen, kion vi donas kiel almozon, strebante al la ĉeesto de Allah – estas ili tiuj, kiuj ricevos pliigon multoblan.

41. Estas Allah Tiu, kiu kreis kaj poste provizis vin, poste lasis vin morti, poste revivi-

الْقَيِّمُ وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَ النَّاسِ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٣٠﴾
مُنِيبِينَ إِلَيْهِ وَاتَّقُوهُ وَأَقِيمُوا الصَّلَاةَ وَلَا تَكُونُوا
مِنَ الْمُشْرِكِينَ ﴿٣١﴾
مِنَ الَّذِينَ فَرَّقُوا دِينَهُمْ وَكَانُوا شِيَعًا ۖ كُلُّ حِزْبٍ
بِمَا لَدَيْهِمْ فَرِحُونَ ﴿٣٢﴾
وَإِذَا مَسَّ النَّاسَ ضُرٌّ دَعَوْا رَبَّهُمْ مُنِيبِينَ إِلَيْهِ
ثُمَّ إِذَا أَذَاقَهُمْ مِنْهُ رَحْمَةً إِذَا فَرِيقٌ مِنْهُمْ بِرَبِّهِمْ
يُشْرِكُونَ ﴿٣٣﴾
لِيَكْفُرُوا بِمَا آتَيْنَاهُمْ ۚ فَتَمَتَّعُوا فَسَوْفَ تَعْلَمُونَ ﴿٣٤﴾
أَمْ أَنْزَلْنَا عَلَيْهِمْ سُلْطَانًا فَهُوَ يَتَكَلَّمُ بِمَا كَانُوا بِهِ
يُشْرِكُونَ ﴿٣٥﴾
وَإِذَا أَذَقْنَا النَّاسَ رَحْمَةً فَرِحُوا بِهَا ۖ وَإِنْ تُصِبْهُمْ
سَيِّئَةٌ بِمَا قَدَّمَتْ أَيْدِيهِمْ إِذَا هُمْ يَقْنَطُونَ ﴿٣٦﴾
أَوَلَمْ يَرَوْا أَنَّ اللَّهَ يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَشَاءُ وَ
يَقْدِرُ ۚ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِقَوْمٍ يُؤْمِنُونَ ﴿٣٧﴾
فَآتِ ذَا الْقُرْبَىٰ حَقَّهُ وَالْمِسْكِينَ وَابْنَ السَّبِيلِ ۚ
ذَٰلِكَ خَيْرٌ لِلَّذِينَ يُرِيدُونَ وَجْهَ اللَّهِ ۖ وَأُولَٰئِكَ
هُمُ الْمُفْلِحُونَ ﴿٣٨﴾
وَمَا آتَيْتُمْ مِنْ رِبًا لِيَرْبُوَ فِي أَمْوَالِ النَّاسِ فَلَا
يَرْبُو عِنْدَ اللَّهِ ۖ وَمَا آتَيْتُمْ مِنْ زَكَاةٍ تُرِيدُونَ
وَجْهَ اللَّهِ فَأُولَٰئِكَ هُمُ الْمُضْعِفُونَ ﴿٣٩﴾
اللَّهُ الَّذِي خَلَقَكُمْ ثُمَّ رَزَقَكُمْ ثُمَّ يُمِيتُكُمْ ثُمَّ

gos vin. Ĉu estas inter viaj Dioj iu, kiu povus fari ion tian? Sankta Li estas kaj eminenta super tio, kion ili aldonas al Li kiel rivalon!

42. Malpuriĝo aperis en la lando kaj sur la maro pro tio, kion faris la manoj de la homoj, por ke Li gustumigu al ili la sekvojn de kelkaj el iliaj agoj kaj por ke ili pentu.

43. Diru: "Vojaĝu en la lando kaj rigardu, kiel estis la fino de tiuj antaŭe! La plej multaj el ili estis idolanoj".

44. Turnu vian vizaĝon al la religio daŭra, antaŭ ol venos la tago, pri kiu ne ekzistas defendo kontraŭ Allah. En tiu tago ili estos dividitaj.

45. Sur tiun, kiu miskredis, falos lia miskredo! Kaj la bonfarantoj pretigas la bonon por si mem.

46. Li rekompencu la kredantojn kaj la bonfarantojn per Sia graco. Vere Allah ne amas la miskredantojn.

47. Unu el Liaj signoj estas, ke Li sendis la ventojn kun la bona novaĵo, por ke Li gustumigu al vi Sian favoron, kaj irigu la ŝipojn laŭ Sia ordono, kaj por ke vi strebu al Lia graco, kaj por ke vi estu dankaj.

48. Vere Ni sendis senditojn antaŭ vi al iliaj popoloj — kaj ili venis kun evidentaj signoj — poste Ni punis la kulpulojn, kaj estis Nia koncerno helpi la kredantojn.

49. Estas Allah Tiu, kiu sendas la ventojn, kiuj levas la nubojn, poste Li disvastigas ĉi tiujn en la ĉielo, kiel Li volas, kaj Li amasigas ilin, tavolo super tavolon; tiam vi vidas la pluvon eliri el ilia mezo. Kiam Li faligas ĝin sur tiun el Siaj servantoj, kiun Li volas, jen ili ĝojegas,

يحييكم هل من شركائكم من يفعل من ذلكم
من شيء سبحانه وتعالى عما يشركون ﴿٤٠﴾ ع
ظهر الفساد في البر والبحر بما كسبت أيدي
الناس ليذيقهم بعض الذي عملوا لعلهم
يرجعون ﴿٤١﴾
قل سيروا في الأرض فانظروا كيف كان عاقبة
الذين من قبل كان أكثرهم مشركين ﴿٤٢﴾
فأقم وجهك للدين القيم من قبل أن يأتي
يوم لا مرد له من الله يومئذ يصدعون ﴿٤٣﴾
من كفر فعليه كفره ومن عمل صالحا فلأنفسهم
يمهدون ﴿٤٤﴾
ليجزي الذين آمنوا وعملوا الصالحات من فضله
إنه لا يحب الكافرين ﴿٤٥﴾
ومن آياته أن يرسل الرياح مبشرات وليذيقكم
من رحمته ولتجري الفلك بأمره ولتبتغوا من
فضله ولعلكم تشكرون ﴿٤٦﴾
ولقد أرسلنا من قبلك رسلا إلى قومهم فجاءوهم
بالبينات فانتقمنا من الذين أجرموا وكان حقا
علينا نصر المؤمنين ﴿٤٧﴾
الله الذي يرسل الرياح فتثير سحابا فيبسطه
في السماء كيف يشاء ويجعله كسفا فترى الودق
يخرج من خلاله فإذا أصاب به من يشاء من

50. kvankam ili malĝojegis antaŭe, antaŭ ol ĝi falis sur ilin.

51. Rigardu do la postsignojn de la kompato de Allah, kiel ĝi revivigas la teron, post kiam ĝi mortis. Vere Li ankaŭ revivigos la mortintojn. Li havas povon super ĉiuj aferoj.

52. Se Ni sendus venton kaj ili vidus sian rikolton flaviĝi, ili certe persistus en sia miskredo.

53. Vi ne povus igi la mortintojn aŭdi kaj la surdulojn aŭdi la vokon, kiam ili turnas siajn dorsojn,

54. kaj vi ne povus gvidi la blindulojn for de ilia erarado. Vi povus nur fari aŭdantaj tiujn, kiuj kredas je Niaj signoj kaj submetiĝas.

55. Estas Allah Tiu, kiu kreis vin en malforteco, poste tamen post la malforteco Li donis al vi la fortecon, poste tamen post la forteco Li donis denove al vi la malfortecon kaj grizan ħararon. Li kreas, kion Li volas. Li estas la Ĉioscia, la Ĉiopova.

56. En la tago, en kiu venos la "Horo", la pekuloj ĵuros, ke ili ne restis pli ol unu horon. Tiel ili ĉiam mensogis.

57. Tiuj tamen, al kiuj estis donita la vera scio laŭ la kredo, diros: "Vi certe restis, laŭ la Libro de Allah, ĝis la tago de la reviviĝo, sed vi ne sciis tion".

58. Tiel ne utilos al la malpieguloj iliaj pretekstoj en tiu tago, kaj ili ne trovos favoron.

59. Vere Ni donis al la homoj en ĉi tiu Korano ĉiuspecajn similaĵojn, sed, se vi portos al ili signon, la miskredantoj diros: "Vi estas nur mensoguloj".

عِبَادِهِ إِذَا هُمْ يَسْتَبْشِرُونَ ﴿٤٩﴾
وَإِنْ كَانُوا مِنْ قَبْلِ أَنْ يُنَزَّلَ عَلَيْهِمْ مِنْ قَبْلِهِ
لَمُبْلِسِينَ ﴿٥٠﴾
فَانْظُرْ إِلَىٰ آثَارِ رَحْمَتِ اللَّهِ كَيْفَ يُحْيِ الْأَرْضَ بَعْدَ
مَوْتِهَا ۚ إِنَّ ذَٰلِكَ لَمُحْيِ الْمَوْتَىٰ ۖ وَهُوَ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيرٌ ﴿٥١﴾
وَلَئِنْ أَرْسَلْنَا رِيحًا فَرَأَوْهُ مُصْفَرًّا لَظَلُّوا مِنْ بَعْدِهِ
يَكْفُرُونَ ﴿٥٢﴾
فَإِنَّكَ لَا تُسْمِعُ الْمَوْتَىٰ وَلَا تُسْمِعُ الصُّمَّ الدُّعَاءَ إِذَا
وَلَّوْا مُدْبِرِينَ ﴿٥٣﴾
وَمَا أَنْتَ بِهَادِ الْعُمْيِ عَنْ ضَلَالَتِهِمْ ۖ إِنْ تُسْمِعُ إِلَّا
مَنْ يُؤْمِنُ بِآيَاتِنَا فَهُمْ مُسْلِمُونَ ﴿٥٤﴾ ع
اللَّهُ الَّذِي خَلَقَكُمْ مِنْ ضَعْفٍ ثُمَّ جَعَلَ مِنْ بَعْدِ
ضَعْفٍ قُوَّةً ثُمَّ جَعَلَ مِنْ بَعْدِ قُوَّةٍ ضَعْفًا وَشَيْبَةً ۚ
يَخْلُقُ مَا يَشَاءُ ۖ وَهُوَ الْعَلِيمُ الْقَدِيرُ ﴿٥٥﴾
وَيَوْمَ تَقُومُ السَّاعَةُ يُقْسِمُ الْمُجْرِمُونَ مَا لَبِثُوا
غَيْرَ سَاعَةٍ ۚ كَذَٰلِكَ كَانُوا يُؤْفَكُونَ ﴿٥٦﴾
وَقَالَ الَّذِينَ أُوتُوا الْعِلْمَ وَالْإِيمَانَ لَقَدْ لَبِثْتُمْ
فِي كِتَابِ اللَّهِ إِلَىٰ يَوْمِ الْبَعْثِ ۖ فَهَٰذَا يَوْمُ الْبَعْثِ وَ
لَٰكِنَّكُمْ كُنْتُمْ لَا تَعْلَمُونَ ﴿٥٧﴾
فَيَوْمَئِذٍ لَا يَنْفَعُ الَّذِينَ ظَلَمُوا مَعْذِرَتُهُمْ وَلَا هُمْ
يُسْتَعْتَبُونَ ﴿٥٨﴾

60. Tiel Allah sigelas la korojn de la nesciantoj.

61. Tial estu persistema. Vere la promeso de Allah estas vera. Ne lasu tiujn, kiuj ne havas firman kredon, vin ŝanceli.

وَلَقَدْ ضَرَبْنَا لِلنَّاسِ فِي هَٰذَا الْقُرْآنِ مِن كُلِّ
مَثَلٍ ۚ وَلَئِن جِئْتَهُم بِآيَةٍ لَّيَقُولَنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا
إِنْ أَنتُمْ إِلَّا مُبْطِلُونَ ﴿٥٩﴾
كَذَٰلِكَ يَطْبَعُ اللَّهُ عَلَىٰ قُلُوبِ الَّذِينَ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٦٠﴾
فَاصْبِرْ إِنَّ وَعْدَ اللَّهِ حَقٌّ ۖ وَلَا يَسْتَخِفَّنَّكَ الَّذِينَ
لَا يُوقِنُونَ ﴿٦١﴾ ع

سُوْرَةُ لُقْمٰنَ مَكِّيَّةٌ (٣١)

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lām Mīm.**

3. Jen la versoj de la saĝa Libro,

4. gvidilo kaj favoro por la bonfarantoj,

5. por tiuj, kiuj levas la preĝon kaj almozdonas kaj firme kredas al la vivo venonta.

6. Estas ili tiuj, kiuj sekvas la gvidadon de sia Sinjoro, kaj estas ili tiuj, kiuj estos sukcesaj.

7. Inter la homoj estas iu, kiu disvastigis vanajn historiojn por devojigi aliajn de la afero de Allah kontraŭ la vera scio, kaj mokas ĝin. Por ili estos hontiga puno.

8. Kiam estas proklamataj al li Niaj revelacioj, li turnas sin for malŝateme, kvazaŭ li nenion aŭdus, kvazaŭ estus surdeco en liaj oreloj. Anoncu do al li doloran punon.

9. Vere por tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, estos Paradizo de feliĉo.

10. Tie ili restos por ĉiam. Tiu estas la promeso de Allah, certe kaj vere. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

11. Li kreis la ĉielojn sen videblaj subteniloj, kaj Li fundamentis firmajn montojn sur la tero, por ke ĝi ne skuiĝu kun vi, kaj Li dis-

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

الٓمّٓ (٢)

تِلْكَ اٰيٰتُ الْكِتٰبِ الْحَكِيْمِ (٣)

هُدًى وَّ رَحْمَةً لِّلْمُحْسِنِيْنَ (٤)

الَّذِيْنَ يُقِيْمُوْنَ الصَّلٰوةَ وَيُؤْتُوْنَ الزَّكٰوةَ وَ هُمْ
بِالْاٰخِرَةِ هُمْ يُوْقِنُوْنَ (٥)

اُولٰٓئِكَ عَلٰى هُدًى مِّنْ رَّبِّهِمْ وَ اُولٰٓئِكَ هُمُ
الْمُفْلِحُوْنَ (٦)

وَ مِنَ النَّاسِ مَنْ يَّشْتَرِيْ لَهْوَ الْحَدِيْثِ لِيُضِلَّ
عَنْ سَبِيْلِ اللّٰهِ بِغَيْرِ عِلْمٍ ۖ وَّيَتَّخِذَهَا هُزُوًا ؕ
اُولٰٓئِكَ لَهُمْ عَذَابٌ مُّهِيْنٌ (٧)

وَاِذَا تُتْلٰى عَلَيْهِ اٰيٰتُنَا وَلّٰى مُسْتَكْبِرًا كَاَنْ لَّمْ يَسْمَعْهَا
كَاَنَّ فِيْٓ اُذُنَيْهِ وَقْرًا ۚ فَبَشِّرْهُ بِعَذَابٍ اَلِيْمٍ (٨)

اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَهُمْ جَنّٰتُ النَّعِيْمِ (٩)

خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ؕ وَعْدَ اللّٰهِ حَقًّا ؕ وَهُوَ الْعَزِيْزُ الْحَكِيْمُ (١٠)

خَلَقَ السَّمٰوٰتِ بِغَيْرِ عَمَدٍ تَرَوْنَهَا وَاَلْقٰى فِى الْاَرْضِ
رَوَاسِيَ اَنْ تَمِيْدَ بِكُمْ وَبَثَّ فِيْهَا مِنْ كُلِّ دَآبَّةٍ ؕ
وَاَنْزَلْنَا مِنَ السَّمَآءِ مَآءً فَاَنْۢبَتْنَا فِيْهَا مِنْ كُلِّ زَوْجٍ
كَرِيْمٍ (١١)

---

* v. la verson 13an

** Mi, Allah, Ĉioscia

donis sur ĝin ĉiuspecajn bestojn. Ni sendis akvon el la nuboj, kaj Ni burĝonigas sur ĝi ĉiun noblan specon.

12. Tiu ĉi estas la kreo de Allah. Montru do al mi, kion kreis aliaj krom Li. Ne! La malpieguloj troviĝas en evidenta eraro.

13. Ni donis al Lukmān la saĝon, por ke li estu danka al Allah, ĉar tiu, kiu estas danka, vere estas danka por sia propra animo. Se iu tamen estas sendanka, Allah vere estas memsufiĉa, laŭdegenda.

14. Memoru, kiam Lukmān diris al sia filo, admonante lin: "Ho mia filo, ne aldonu rivalojn al Allah, ĉar idolservo estas gravega malpiegeco! ".

15. Ni ordonis al la homo pri liaj gepatroj — lia patrino portis lin en malforteco post malforteco, kaj lia demamigo daŭras du jarojn: "Estu danka al viaj gepatroj; al Mi estos la reveno.

16. Se ili tamen insistos ĉe vi, por ke vi aldonu kiel rivalon al Mi tion, pri kio vi nenion scias, ne obeu al ili; tamen pri la aferoj de ĉi tiu vivo estu ĝentila al ili, kaj sekvu la vojon de tiu, kiu turnas sin al Mi. Poste vi revenos al Mi kaj Mi anoncos al vi tion, kion vi faris".

17. "Ho mia kara filo, eĉ se ĝi havus la pezon de sinapgrajno kaj se ĝi estus en ŝtonego aŭ en la ĉieloj aŭ en la tero, Allah eltirigus ĝin. Vere Allah estas la Scianto de la Nevideblaĵoj, la Ĉioscia.

18. Ho mia filo, levu la preĝon kaj ordonu la bonon kaj malpermesu la malbonon kaj toleru pacience tion, kio trafas vin. Vere tio korespondas al la decido de Dio pri la homaj aferoj.

19. Ne turnu malŝatante vian vangon al la homoj, kaj ne iru sur la tero fierege, ĉar

هٰذَا خَلْقُ اللّٰهِ فَاَرُوْنِيْ مَاذَا خَلَقَ الَّذِيْنَ مِنْ دُوْنِهٖ
ع بَلِ الظّٰلِمُوْنَ فِيْ ضَلٰلٍ مُّبِيْنٍ ﴿١١﴾
وَلَقَدْ اٰتَيْنَا لُقْمٰنَ الْحِكْمَةَ اَنِ اشْكُرْ لِلّٰهِ ۚ وَمَنْ
يَّشْكُرْ فَاِنَّمَا يَشْكُرُ لِنَفْسِهٖ ۚ وَمَنْ كَفَرَ فَاِنَّ اللّٰهَ غَنِيٌّ
حَمِيْدٌ ﴿١٢﴾
وَاِذْ قَالَ لُقْمٰنُ لِابْنِهٖ وَهُوَ يَعِظُهٗ يٰبُنَيَّ لَا تُشْرِكْ
بِاللّٰهِ ۚ اِنَّ الشِّرْكَ لَظُلْمٌ عَظِيْمٌ ﴿١٣﴾
وَوَصَّيْنَا الْاِنْسَانَ بِوَالِدَيْهِ ۚ حَمَلَتْهُ اُمُّهٗ وَهْنًا
عَلٰى وَهْنٍ وَّفِصٰلُهٗ فِيْ عَامَيْنِ اَنِ اشْكُرْ لِيْ وَلِوَالِدَيْكَ ۚ
اِلَيَّ الْمَصِيْرُ ﴿١٤﴾
وَاِنْ جَاهَدٰكَ عَلٰٓى اَنْ تُشْرِكَ بِيْ مَا لَيْسَ لَكَ بِهٖ
عِلْمٌ ۙ فَلَا تُطِعْهُمَا وَصَاحِبْهُمَا فِي الدُّنْيَا مَعْرُوْفًا ۫
وَّاتَّبِعْ سَبِيْلَ مَنْ اَنَابَ اِلَيَّ ۚ ثُمَّ اِلَيَّ مَرْجِعُكُمْ
فَاُنَبِّئُكُمْ بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿١٥﴾
يٰبُنَيَّ اِنَّهَآ اِنْ تَكُ مِثْقَالَ حَبَّةٍ مِّنْ خَرْدَلٍ فَتَكُنْ فِيْ
صَخْرَةٍ اَوْ فِي السَّمٰوٰتِ اَوْ فِي الْاَرْضِ يَاْتِ بِهَا اللّٰهُ ۚ
اِنَّ اللّٰهَ لَطِيْفٌ خَبِيْرٌ ﴿١٦﴾
يٰبُنَيَّ اَقِمِ الصَّلٰوةَ وَاْمُرْ بِالْمَعْرُوْفِ وَانْهَ عَنِ الْمُنْكَرِ
وَاصْبِرْ عَلٰى مَآ اَصَابَكَ ۚ اِنَّ ذٰلِكَ مِنْ عَزْمِ الْاُمُوْرِ ﴿١٧﴾
وَلَا تُصَعِّرْ خَدَّكَ لِلنَّاسِ وَلَا تَمْشِ فِي الْاَرْضِ مَرَحًا ۚ
اِنَّ اللّٰهَ لَا يُحِبُّ كُلَّ مُخْتَالٍ فَخُوْرٍ ﴿١٨﴾
وَاقْصِدْ فِيْ مَشْيِكَ وَاغْضُضْ مِنْ صَوْتِكَ ۚ اِنَّ

Allah ne amas iun ajn fanfaronan fieregulon.

20. Iru moderpaŝe kaj moderigu vian voĉon; vere la plej malagrabla voĉo estas la azenbleko".

21. Ĉu vi ne vidis, ke Allah faris utila por vi ĉion, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero, kaj ke Li verŝis sur vin abunde Sian favoron ekstere kaj interne? Tamen estas inter la homoj iu, kiu disputas pri Allah sen vera scio, sen gvidado kaj sen lumiganta Libro.

22. Kiam estas dirite al ili: "Sekvu, kion sendis Allah! " ili respondas: "Ne! Ni volas sekvi tion, en kio ni trovis niajn patrojn". Kiel? Eĉ se Satano alvokas ilin al la turmento de la flamoj?

23. Tiu tamen, kiu turnas sian vizaĝon al Allah kaj bonfaras, ţiu certe ekprenis la plej firman subtenilon. Ĉe Allah estas la fino de ĉiuj aferoj.

24. Pri tiu, kiu miskredas, ne lasu lian miskredon ĉagreni vin. Al Ni estos ilia reveno, kaj tiam Ni anoncos al ili, kion ili faris. Vere Allah bone konas la internon de la brustoj.

25. Por iom da tempo Ni lasos ilin ĝui, poste Ni tamen puŝos ilin al terura turmento.

26. Kiam vi demandas ilin: "Kiu kreis la ĉielojn kaj la teron? ", ili certe respondas: "Allah! ". Diru: "Estu laŭdegata Allah! ". Ne! La plej multaj el ili ne scias tion.

27. Al Allah apartenas, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Vere Allah estas la Memsufiĉa, la Laŭdegenda.

28. Se ĉiuj arboj, kiuj estas sur la tero, estus plumoj, kaj la maro inko, kaj sep oceanoj estus aldonitaj al ĝi, tamen ne elĉerpiĝus la

ع أَنكَرَ الْأَصْوَاتِ لَصَوْتُ الْحَمِيرِ ﴿٢٠﴾
أَلَمْ تَرَوْا أَنَّ اللَّهَ سَخَّرَ لَكُم مَّا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي
الْأَرْضِ وَأَسْبَغَ عَلَيْكُمْ نِعَمَهُ ظَاهِرَةً وَبَاطِنَةً وَ
مِنَ النَّاسِ مَن يُجَادِلُ فِي اللَّهِ بِغَيْرِ عِلْمٍ وَلَا هُدًى
وَلَا كِتَابٍ مُّنِيرٍ ﴿٢١﴾
وَإِذَا قِيلَ لَهُمُ اتَّبِعُوا مَا أَنزَلَ اللَّهُ قَالُوا بَلْ نَتَّبِعُ
مَا وَجَدْنَا عَلَيْهِ آبَاءَنَا أَوَلَوْ كَانَ الشَّيْطَانُ
يَدْعُوهُمْ إِلَىٰ عَذَابِ السَّعِيرِ ﴿٢٢﴾
وَمَن يُسْلِمْ وَجْهَهُ إِلَى اللَّهِ وَهُوَ مُحْسِنٌ فَقَدِ
اسْتَمْسَكَ بِالْعُرْوَةِ الْوُثْقَىٰ وَإِلَى اللَّهِ عَاقِبَةُ
الْأُمُورِ ﴿٢٣﴾
وَمَن كَفَرَ فَلَا يَحْزُنكَ كُفْرُهُ إِلَيْنَا مَرْجِعُهُمْ فَنُنَبِّئُهُم
بِمَا عَمِلُوا إِنَّ اللَّهَ عَلِيمٌ بِذَاتِ الصُّدُورِ ﴿٢٤﴾
نُمَتِّعُهُمْ قَلِيلًا ثُمَّ نَضْطَرُّهُمْ إِلَىٰ عَذَابٍ غَلِيظٍ ﴿٢٥﴾
وَلَئِن سَأَلْتَهُم مَّنْ خَلَقَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ لَيَقُولُنَّ
اللَّهُ قُلِ الْحَمْدُ لِلَّهِ بَلْ أَكْثَرُهُمْ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٢٦﴾
لِلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ إِنَّ اللَّهَ هُوَ الْغَنِيُّ
الْحَمِيدُ ﴿٢٧﴾
وَلَوْ أَنَّمَا فِي الْأَرْضِ مِن شَجَرَةٍ أَقْلَامٌ وَالْبَحْرُ
يَمُدُّهُ مِن بَعْدِهِ سَبْعَةُ أَبْحُرٍ مَّا نَفِدَتْ كَلِمَاتُ
اللَّهِ إِنَّ اللَّهَ عَزِيزٌ حَكِيمٌ ﴿٢٨﴾
مَّا خَلْقُكُمْ وَلَا بَعْثُكُمْ إِلَّا كَنَفْسٍ وَاحِدَةٍ إِنَّ اللَّهَ

vortoj de Allah. Vere Allah estas ĉiopova, saĝa.

29. Via kreo kaj via leviĝo estas por Li kiel tiuj de unu animo. Vere Allah estas ĉioaŭda, ĉiovida.

30. Ĉu vi ne vidis, ke Allah aliigas la nokton en la tagon kaj aliigas la tagon en la nokton kaj faris utilaj la sunon kaj la lunon – ĉiu el ili ambaŭ sekvas sian vojon al fiksita celo –, kaj ke Allah bone konas viajn agojn?

31. Tio estas, ĉar nur Allah estas la Vero – tio, kion vi alvokas apud Li estas la falso – kaj ĉar Allah estas la Eminenta, la Grandega.

32. Ĉu vi ne vidis, ke la ŝipoj sulkas la maron per la kompato de Allah, por ke Li montru al vi Siajn signojn? Vere en tio estas signoj por ĉiu persistemulo, dankulo.

33. Kiam ilin kovras la ondegoj kiel tegmentoj, tiam ili vokas Allahon, oferante sinceran kulton; kiam Li tamen savis ilin al la marbordo, iu el ili sekvas la rektan vojon. Niajn signojn nur rifuzas la malfideluloj, la sendankuloj.

34. Ho vi, homoj! Respektegu vian Sinjoron kaj timu la tagon, en kiu la patro ne povos elpagi por sia filo kaj la filo neniel povos elpagi por sia patro. Vere la promeso de Allah estas vera. Ne trompu vin ĉi tiu vivo, kaj ne trompu vin pri Allah la Delogisto.

35. Vere nur ĉe Allah estas la vera scio pri la "Horo". Li sendas la pluvon, kaj Li scias, kio estas en la ventroj de la patrinoj, kaj neniu scias, kion li faros morgaŭ, kaj neniu scias, en kiu lando li mortos. Vere Allah estas ĉioscia, ĉiokona.

سَمِيعٌ بَصِيرٌ ﴿٢٩﴾
أَلَمْ تَرَ أَنَّ اللّٰهَ يُولِجُ الَّيْلَ فِي النَّهَارِ وَيُولِجُ النَّهَارَ
فِي الَّيْلِ وَسَخَّرَ الشَّمْسَ وَالْقَمَرَ كُلٌّ يَجْرِيٓ إِلَىٰٓ أَجَلٍ
مُّسَمًّى وَأَنَّ اللّٰهَ بِمَا تَعْمَلُونَ خَبِيرٌ ﴿٣٠﴾
ذٰلِكَ بِأَنَّ اللّٰهَ هُوَ الْحَقُّ وَأَنَّ مَا يَدْعُونَ مِن دُونِهِ
الْبَاطِلُ وَأَنَّ اللّٰهَ هُوَ الْعَلِيُّ الْكَبِيرُ ﴿٣١﴾
أَلَمْ تَرَ أَنَّ الْفُلْكَ تَجْرِي فِي الْبَحْرِ بِنِعْمَتِ اللّٰهِ لِيُرِيَكُم
مِّنْ آيٰتِهِ إِنَّ فِي ذٰلِكَ لَآيٰتٍ لِّكُلِّ صَبَّارٍ شَكُورٍ ﴿٣٢﴾
وَإِذَا غَشِيَهُم مَّوْجٌ كَالظُّلَلِ دَعَوُا اللّٰهَ مُخْلِصِينَ
لَهُ الدِّينَ فَلَمَّا نَجّٰهُمْ إِلَى الْبَرِّ فَمِنْهُم مُّقْتَصِدٌ
وَمَا يَجْحَدُ بِآيٰتِنَآ إِلَّا كُلُّ خَتَّارٍ كَفُورٍ ﴿٣٣﴾
يٰٓأَيُّهَا النَّاسُ اتَّقُوا رَبَّكُمْ وَاخْشَوْا يَوْمًا لَّا يَجْزِي
وَالِدٌ عَن وَلَدِهِ وَلَا مَوْلُودٌ هُوَ جَازٍ عَن وَالِدِهِ
شَيْئًا إِنَّ وَعْدَ اللّٰهِ حَقٌّ فَلَا تَغُرَّنَّكُمُ الْحَيٰوةُ الدُّنْيَا
وَلَا يَغُرَّنَّكُم بِاللّٰهِ الْغَرُورُ ﴿٣٤﴾
إِنَّ اللّٰهَ عِندَهُ عِلْمُ السَّاعَةِ وَيُنَزِّلُ الْغَيْثَ وَيَعْلَمُ
مَا فِي الْأَرْحَامِ وَمَا تَدْرِي نَفْسٌ مَّاذَا تَكْسِبُ غَدًا
وَمَا تَدْرِي نَفْسٌ بِأَيِّ أَرْضٍ تَمُوتُ إِنَّ اللّٰهَ عَلِيمٌ
خَبِيرٌ ﴿٣٥﴾

# سورة السجدة مكية

(٣٢)

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Alef Lâm Mîm.**

3. La revelacio de la Libro – pri tio ne ekzistas dubo – estas de la Sinjoro de l' Universo.

4. Ĉu ili diras: " li*** elpensis ĝin? ". Ne! Ĝi estas la vero de via Sinjoro, por ke vi admonu popolon, al kiu ne venis admonanto antaŭ vi, por ke ili estu gvidataj.

5. Estas Allah Tiu, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron kaj tion, kio estas inter ambaŭ, en ses tagoj, poste Li sidiĝis sur la tronon. Krom Li, vi ne havas protektanton aŭ propetanton. Ĉu vi do ne volas esti admonataj?

6. Li direktas la dekreton el la ĉielo sur la teron, kaj ĝi ree supreniros al Li en la tago, kies daŭro estos mil jaroj laŭ via kalkulo.

7. Li estas la Scianto de la Kaŝitaĵoj kaj de la Malkaŝitaĵoj, la Ĉiopova, la Pardonema,

8. kiu perfekte kreis ĉion, kion Li kreis, kaj Li komencis la kreon de la homo el argilo.

9. Poste Li formis lian idaron el la mikso de sensignifa likvaĵo,

10. poste Li formis lin, poste Li blovis en lin Sian spiriton, kaj Li donis al vi la aŭdadon kaj la vidadon kaj la koron. Kiom malmulte vi tamen dankas!

---

* v. la verson 16an

** Mi, Allah, Ĉioscia

*** Mahometo

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ (١)

الٓمٓ (٢)

تَنزِيلُ الْكِتَابِ لَا رَيْبَ فِيهِ مِن رَّبِّ الْعَالَمِينَ (٣)

أَمْ يَقُولُونَ افْتَرَاهُ ۚ بَلْ هُوَ الْحَقُّ مِن رَّبِّكَ لِتُنذِرَ
قَوْمًا مَّا أَتَاهُم مِّن نَّذِيرٍ مِّن قَبْلِكَ لَعَلَّهُمْ يَهْتَدُونَ (٤)

اللَّهُ الَّذِي خَلَقَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَا فِي
سِتَّةِ أَيَّامٍ ثُمَّ اسْتَوَىٰ عَلَى الْعَرْشِ ۖ مَا لَكُم مِّن دُونِهِ
مِن وَلِيٍّ وَلَا شَفِيعٍ ۚ أَفَلَا تَتَذَكَّرُونَ (٥)

يُدَبِّرُ الْأَمْرَ مِنَ السَّمَاءِ إِلَى الْأَرْضِ ثُمَّ يَعْرُجُ إِلَيْهِ فِي يَوْمٍ
كَانَ مِقْدَارُهُ أَلْفَ سَنَةٍ مِّمَّا تَعُدُّونَ (٦)

ذَٰلِكَ عَالِمُ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ الْعَزِيزُ الرَّحِيمُ (٧)

الَّذِي أَحْسَنَ كُلَّ شَيْءٍ خَلَقَهُ ۖ وَبَدَأَ خَلْقَ الْإِنسَانِ
مِن طِينٍ (٨)

ثُمَّ جَعَلَ نَسْلَهُ مِن سُلَالَةٍ مِّن مَّاءٍ مَّهِينٍ (٩)

ثُمَّ سَوَّاهُ وَنَفَخَ فِيهِ مِن رُّوحِهِ ۖ وَجَعَلَ لَكُمُ السَّمْعَ
وَالْأَبْصَارَ وَالْأَفْئِدَةَ ۚ قَلِيلًا مَّا تَشْكُرُونَ (١٠)

وَقَالُوا أَإِذَا ضَلَلْنَا فِي الْأَرْضِ أَإِنَّا لَفِي خَلْقٍ جَدِيدٍ ۚ
بَلْ هُم بِلِقَاءِ رَبِّهِمْ كَافِرُونَ (١١)

قُلْ يَتَوَفَّاكُم مَّلَكُ الْمَوْتِ الَّذِي وُكِّلَ بِكُمْ ثُمَّ

11. Ili diras: ”Kiel? Kiam ni estos pereintaj sur la tero, ĉu ni tiam estos en nova kreo? ”. Ne! Ili ne kredas je la renkonto kun sia Sinjoro.

12. Diru: ”Forprenos vin la anĝelo de la morto, tiu, kiu ricevis sian taskon gardi vin, poste vi revenos al via Sinjoro”.

13. Se vi nur vidus, kiel la kulpuloj klinos siajn kapojn antaŭ sia Sinjoro: ”Nia Sinjoro, ni nur vidis kaj aŭdis, tial resendu nin, por ke ni povu bonfari, ĉar ni nun vere firme kredas”.

14. Se Ni estus volinta, Ni estus povinta doni al ĉiuj animoj la gvidadon, sed Mia vorto tamen realiĝis: ”Ni plenigos la inferon per Ginnoj kaj per homoj, ĉiuj kune”.

15. Tiel vi gustumu la punon, ĉar vi forgesis la venon de ĉi tiu via tago. Ni vere ankaŭ forgesis vin. Tial vi gustumu la daŭran punon pro viaj agoj.

16. Vere nur kredas je Niaj signoj tiuj, kiuj – kiam ili estas admonataj – falas terenkuŝiĝante kaj proklamas la laŭdegon de sia Sinjoro kaj ne estas malhumilaj.

17. Ili restas for de siaj litoj; ili alvokas sian Sinjoron timante kaj esperante, kaj disdonas, kion Ni donis al ili.

18. Neniu tamen scias, kiuj belegaj vidindaĵoj estas kaŝitaj por ili kiel rekompenco pro iliaj faroj.

19. Ĉu la kredanto estas egala al la malobeemulo? Ili ne estas de la sama rango.

20. Por tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, estos la ĝardenoj de la ĉiama restadejo kiel donaco pro iliaj faroj.

21. Tiuj tamen, kiuj estis malobeemaj – ilia restadejo estos la fajro. Kiam ili provos fuĝi

إِلَىٰ رَبِّكُمْ تُرْجَعُونَ ﴿١٢﴾
وَلَوْ تَرَىٰ إِذِ الْمُجْرِمُونَ نَاكِسُوا رُءُوسِهِمْ عِندَ رَبِّهِمْ
رَبَّنَا أَبْصَرْنَا وَسَمِعْنَا فَارْجِعْنَا نَعْمَلْ صَالِحًا إِنَّا
مُوقِنُونَ ﴿١٣﴾
وَلَوْ شِئْنَا لَآتَيْنَا كُلَّ نَفْسٍ هُدَاهَا وَلَٰكِنْ حَقَّ الْقَوْلُ
مِنِّي لَأَمْلَأَنَّ جَهَنَّمَ مِنَ الْجِنَّةِ وَالنَّاسِ أَجْمَعِينَ ﴿١٤﴾
فَذُوقُوا بِمَا نَسِيتُمْ لِقَاءَ يَوْمِكُمْ هَٰذَا إِنَّا نَسِينَاكُمْ
وَذُوقُوا عَذَابَ الْخُلْدِ بِمَا كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ﴿١٥﴾
إِنَّمَا يُؤْمِنُ بِآيَاتِنَا الَّذِينَ إِذَا ذُكِّرُوا بِهَا خَرُّوا سُجَّدًا
وَسَبَّحُوا بِحَمْدِ رَبِّهِمْ وَهُمْ لَا يَسْتَكْبِرُونَ ﴿١٦﴾ السجدة
تَتَجَافَىٰ جُنُوبُهُمْ عَنِ الْمَضَاجِعِ يَدْعُونَ رَبَّهُمْ خَوْفًا
وَطَمَعًا وَمِمَّا رَزَقْنَاهُمْ يُنفِقُونَ ﴿١٧﴾
فَلَا تَعْلَمُ نَفْسٌ مَّا أُخْفِيَ لَهُم مِّن قُرَّةِ أَعْيُنٍ جَزَاءً
بِمَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿١٨﴾
أَفَمَن كَانَ مُؤْمِنًا كَمَن كَانَ فَاسِقًا لَّا يَسْتَوُونَ ﴿١٩﴾
أَمَّا الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ فَلَهُمْ جَنَّاتُ
الْمَأْوَىٰ نُزُلًا بِمَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٢٠﴾
وَأَمَّا الَّذِينَ فَسَقُوا فَمَأْوَاهُمُ النَّارُ كُلَّمَا أَرَادُوا أَن
يَخْرُجُوا مِنْهَا أُعِيدُوا فِيهَا وَقِيلَ لَهُمْ ذُوقُوا عَذَابَ
النَّارِ الَّذِي كُنتُم بِهِ تُكَذِّبُونَ ﴿٢١﴾
وَلَنُذِيقَنَّهُم مِّنَ الْعَذَابِ الْأَدْنَىٰ دُونَ الْعَذَابِ
الْأَكْبَرِ لَعَلَّهُمْ يَرْجِعُونَ ﴿٢٢﴾

el ĝi, ili estos repuŝataj en ĝin, kaj estos dirite al ili: "Vi gustumu la turmenton de la fajro, kiun vi kutimis negi! ".

22. Vere Ni igos ilin gustumi la proksiman turmenton antaŭ la pli terura turmento, por ke ili eble konvertiĝu.

23. Kiu estas pli malpia ol tiu, kiu estas admonita pri la signoj de lia Sinjoro, kaj poste tamen turnas sin for? Certe Ni severe punos la pekulojn.

24. Ni vere donis al Moseo la Skribon – do vi ne estu en dubo, ke vi ankaŭ ricevos ĝin – kaj Ni faris ĝin gvidilo por la idoj de Izrael.

25. Ni estigis el ilia mezo gvidantojn, por ke ili gvidu la popolon laŭ Nia ordono, ĉar ili estis persistemaj kaj ili firme kredis je Niaj signoj.

26. Vere via Sinjoro juĝos inter ili en la tago de la reviviĝo pri tio, pri kio ili malkonsentis.

27. Ĉu ne estas evidente por ili, kiom da generacioj Ni neniigis antaŭ ili, en kies domoj ili nun iras? Certe en tio estas signoj. Ĉu ili do ne volas aŭdi?

28. Ĉu ili do ne vidis, ke Ni puŝas la akvon sur la sekan teron kaj estigas per ĝi kreskaĵojn, el kiuj sin nutras ilia brutaro kaj ankaŭ ili mem? Ĉu ili do ne volas vidi?

29. Ili diras: "Kiam estos tiu decido, se vi estas sinceraj? ".

30. Diru: "En la tago de la decido ne utilos al la miskredantoj ilia kredo, kaj ili ankaŭ ne ricevos prokraston".

31. Tial vi turnu vin for de ili kaj atendu; ili certe ankaŭ atendas.

وَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنْ ذُكِّرَ بِآيَاتِ رَبِّهِ ثُمَّ أَعْرَضَ عَنْهَا
إِنَّا مِنَ الْمُجْرِمِينَ مُنْتَقِمُونَ ﴿٢٣﴾
وَلَقَدْ آتَيْنَا مُوسَى الْكِتَابَ فَلَا تَكُنْ فِي مِرْيَةٍ مِنْ
لِقَائِهِ وَجَعَلْنَاهُ هُدًى لِبَنِي إِسْرَائِيلَ ﴿٢٤﴾
وَجَعَلْنَا مِنْهُمْ أَئِمَّةً يَهْدُونَ بِأَمْرِنَا لَمَّا صَبَرُوا
وَكَانُوا بِآيَاتِنَا يُوقِنُونَ ﴿٢٥﴾
إِنَّ رَبَّكَ هُوَ يَفْصِلُ بَيْنَهُمْ يَوْمَ الْقِيَامَةِ فِيمَا كَانُوا
فِيهِ يَخْتَلِفُونَ ﴿٢٦﴾
أَوَلَمْ يَهْدِ لَهُمْ كَمْ أَهْلَكْنَا مِنْ قَبْلِهِمْ مِنَ الْقُرُونِ
يَمْشُونَ فِي مَسَاكِنِهِمْ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ أَفَلَا
يَسْمَعُونَ ﴿٢٧﴾
أَوَلَمْ يَرَوْا أَنَّا نَسُوقُ الْمَاءَ إِلَى الْأَرْضِ الْجُرُزِ
فَنُخْرِجُ بِهِ زَرْعًا تَأْكُلُ مِنْهُ أَنْعَامُهُمْ وَأَنْفُسُهُمْ
أَفَلَا يُبْصِرُونَ ﴿٢٨﴾
وَيَقُولُونَ مَتَىٰ هَٰذَا الْفَتْحُ إِنْ كُنْتُمْ صَادِقِينَ ﴿٢٩﴾
قُلْ يَوْمَ الْفَتْحِ لَا يَنْفَعُ الَّذِينَ كَفَرُوا إِيمَانُهُمْ
وَلَا هُمْ يُنْظَرُونَ ﴿٣٠﴾
فَأَعْرِضْ عَنْهُمْ وَانْتَظِرْ إِنَّهُمْ مُنْتَظِرُونَ ﴿٣١﴾

سُوْرَةُ الْاَحْزَابِ مَدَنِيَّةٌ (٣٣)

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho Profeto, serĉu protekton ĉe Allah kaj ne obeu al la miskredantoj kaj al la hipokrituloj. Vere Allah estas ĉioscia, saĝa.

3. Sekvu tion, kio estis revelaciita al vi de via Sinjoro. Vere Allah bone scias, kion vi faras.

4. Konfidu je Allah, ĉar Allah sufiĉas kiel protektanto.

5. Allah ne donis al iu ajn homo du korojn en lia brusto kaj Li ne faris el tiuj viaj edzinoj, kiujn vi repuŝis nomante ilin patrinoj,** verajn patrinojn por vi, kaj el viaj adoptitaj filoj Li ne faris verajn filojn. Tio nur estas babilado el viaj buŝoj, kaj Allah diras la veron kaj Li montras la rektan vojon.

6. Nomu ilin laŭ iliaj patroj; tio estas pli justa antaŭ Allah. Se vi tamen ne konas iliajn patrojn, ili estu viaj fratoj je la religio kaj viaj amikoj. Ne estos peko por vi tio, kion vi faris senvole, sed nur tio, kion intencis viaj koroj. Allah estas senkulpigema, pardonema.

7. La Profeto estas pli proksima al la kredantoj ol ili mem inter si, kaj liaj edzinoj estas iliaj patrinoj, kaj la samsanguloj estas pli proksimaj unu al la alia laŭ la leĝo de Allah, ol estas la aliaj kredantoj kaj la elmigrintoj, krom se vi volas esti ĝentila al viaj amikoj. Tio estas skribita en la Libro.

* v. la verson 21an

** Aludo al tre simpla metodo de eksedziĝo, kiun la Korano kondamnas; laŭ antikva kutimo sufiĉis, ke la edzo diru: "Mi rigardas vin mia patrino", por ke la geedziĝo ne plu validu.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
يٰٓاَيُّهَا النَّبِيُّ اتَّقِ اللّٰهَ وَلَا تُطِعِ الْكٰفِرِيْنَ وَالْمُنٰفِقِيْنَ
اِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَلِيْمًا حَكِيْمًا (٢)
وَّاتَّبِعْ مَا يُوْحٰٓى اِلَيْكَ مِنْ رَّبِّكَ اِنَّ اللّٰهَ كَانَ بِمَا
تَعْمَلُوْنَ خَبِيْرًا (٣)
وَّتَوَكَّلْ عَلَى اللّٰهِ وَكَفٰى بِاللّٰهِ وَكِيْلًا (٤)
مَا جَعَلَ اللّٰهُ لِرَجُلٍ مِّنْ قَلْبَيْنِ فِيْ جَوْفِهٖ وَمَا جَعَلَ
اَزْوَاجَكُمُ الّٰٓئِيْ تُظٰهِرُوْنَ مِنْهُنَّ اُمَّهٰتِكُمْ وَمَا جَعَلَ
اَدْعِيَآءَكُمْ اَبْنَآءَكُمْ ذٰلِكُمْ قَوْلُكُمْ بِاَفْوَاهِكُمْ وَاللّٰهُ
يَقُوْلُ الْحَقَّ وَهُوَ يَهْدِي السَّبِيْلَ (٥)
اُدْعُوْهُمْ لِاٰبَآئِهِمْ هُوَ اَقْسَطُ عِنْدَ اللّٰهِ فَاِنْ لَّمْ
تَعْلَمُوْٓا اٰبَآءَهُمْ فَاِخْوَانُكُمْ فِي الدِّيْنِ وَمَوَالِيْكُمْ
وَلَيْسَ عَلَيْكُمْ جُنَاحٌ فِيْمَآ اَخْطَاْتُمْ بِهٖ وَلٰكِنْ مَّا
تَعَمَّدَتْ قُلُوْبُكُمْ وَكَانَ اللّٰهُ غَفُوْرًا رَّحِيْمًا (٦)
اَلنَّبِيُّ اَوْلٰى بِالْمُؤْمِنِيْنَ مِنْ اَنْفُسِهِمْ وَاَزْوَاجُهٗٓ
اُمَّهٰتُهُمْ وَاُولُوا الْاَرْحَامِ بَعْضُهُمْ اَوْلٰى بِبَعْضٍ
فِيْ كِتٰبِ اللّٰهِ مِنَ الْمُؤْمِنِيْنَ وَالْمُهٰجِرِيْنَ اِلَّآ اَنْ
تَفْعَلُوْٓا اِلٰٓى اَوْلِيٰٓئِكُمْ مَّعْرُوْفًا كَانَ ذٰلِكَ فِي الْكِتٰبِ
مَسْطُوْرًا (٧)

8. Memoru, kiam Ni faris aliancon kun la profetoj kaj kun vi kaj kun Noa kaj kun Abraham kaj kun Moseo kaj kun Jesuo la filo de Maria. Ni faris kun ili solenan aliancon,

9. por ke Li pridemandu la sincerulojn pri ilia sincereco, kaj Li pretigis por la miskredantoj doloran punon.

10. Ho vi, kredantoj! Memoru la favoron de Allah al vi, kiam venis kontraŭ vin la trupoj, kaj kontraŭ ilin Ni sendis venton kaj trupojn, kiujn vi ne vidis. Allah vidas, kion vi faras.

11. Kiam ili venis kontraŭ vin de supre kaj malsupre, kaj viaj rigardoj fariĝis malĝojaj kaj viaj koroj estis en viaj gorĝoj kaj vi pensis diversajn pensojn pri Allah.

12. La kredantoj tiam estis elprovitaj kaj ili estis terure ŝancelitaj.

13. Kiam diris la hipokrituloj kaj tiuj, en kies koroj estis malsano: "Allah kaj Lia sendito faris promesojn al ni nur por trompi nin".

14. Kiam iuj el ili diris: "Ho vi, popolo de Jasrib,* ĉi tie ne estas sekureco por vi, do reiru". Iuj el ili eĉ petis la Profeton, ke li donu la permeson por reiri, dirante: "Vere niaj domoj estas sendefendaj", sed ili ne estis sendefendaj, ili nur deziris fuĝi.

15. Se estus farita kontraŭ ili perforta atako kontraŭ la urbo, kaj se poste ili estus ordonitaj forĵuri, ili tuj obeus; tiam ili ne povus resti longe en la urbo.

16. Vere ili jam antaŭe interkonsentis kun Allah, ke ili ne turnos la dorsojn por fuĝi. La promeso farita al Allah estas deviga.

---

* Nomo de Medino antaŭ la alveno de la Profeto

وَإِذْ أَخَذْنَا مِنَ النَّبِيِّينَ مِيثَاقَهُمْ وَمِنْكَ وَمِنْ
نُوحٍ وَإِبْرَاهِيمَ وَمُوسَىٰ وَعِيسَى ابْنِ مَرْيَمَ
وَأَخَذْنَا مِنْهُمْ مِيثَاقًا غَلِيظًا ﴿٨﴾
لِيَسْأَلَ الصَّادِقِينَ عَنْ صِدْقِهِمْ وَأَعَدَّ لِلْكَافِرِينَ
عَذَابًا أَلِيمًا ﴿٩﴾ ع
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا اذْكُرُوا نِعْمَةَ اللَّهِ عَلَيْكُمْ إِذْ
جَاءَتْكُمْ جُنُودٌ فَأَرْسَلْنَا عَلَيْهِمْ رِيحًا وَجُنُودًا لَمْ
تَرَوْهَا وَكَانَ اللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرًا ﴿١٠﴾
إِذْ جَاءُوكُمْ مِنْ فَوْقِكُمْ وَمِنْ أَسْفَلَ مِنْكُمْ وَإِذْ
زَاغَتِ الْأَبْصَارُ وَبَلَغَتِ الْقُلُوبُ الْحَنَاجِرَ وَتَظُنُّونَ
بِاللَّهِ الظُّنُونَا ﴿١١﴾
هُنَالِكَ ابْتُلِيَ الْمُؤْمِنُونَ وَزُلْزِلُوا زِلْزَالًا شَدِيدًا ﴿١٢﴾
وَإِذْ يَقُولُ الْمُنَافِقُونَ وَالَّذِينَ فِي قُلُوبِهِمْ مَرَضٌ
مَا وَعَدَنَا اللَّهُ وَرَسُولُهُ إِلَّا غُرُورًا ﴿١٣﴾
وَإِذْ قَالَتْ طَائِفَةٌ مِنْهُمْ يَا أَهْلَ يَثْرِبَ لَا مُقَامَ
لَكُمْ فَارْجِعُوا وَيَسْتَأْذِنُ فَرِيقٌ مِنْهُمُ النَّبِيَّ يَقُولُونَ
إِنَّ بُيُوتَنَا عَوْرَةٌ وَمَا هِيَ بِعَوْرَةٍ إِنْ يُرِيدُونَ
إِلَّا فِرَارًا ﴿١٤﴾
وَلَوْ دُخِلَتْ عَلَيْهِمْ مِنْ أَقْطَارِهَا ثُمَّ سُئِلُوا الْفِتْنَةَ
لَآتَوْهَا وَمَا تَلَبَّثُوا بِهَا إِلَّا يَسِيرًا ﴿١٥﴾
وَلَقَدْ كَانُوا عَاهَدُوا اللَّهَ مِنْ قَبْلُ لَا يُوَلُّونَ
الْأَدْبَارَ وَكَانَ عَهْدُ اللَّهِ مَسْئُولًا ﴿١٦﴾

17. Diru: "La fuĝo neniom utilos al vi, se vi fuĝas de la morto aŭ de la mortiĝo; tiam vi nur malmulte ĝuos".

قُلْ لَّنْ يَّنْفَعَكُمُ الْفِرَارُ اِنْ فَرَرْتُمْ مِّنَ الْمَوْتِ اَوِ
الْقَتْلِ وَاِذًا لَّا تُمَتَّعُوْنَ اِلَّا قَلِيْلًا ﴿١٧﴾

18. Diru: "Kiu estas tiu, kiu povas defendi vin kontraŭ Allah, se Li deziras puni vin, aŭ se Li deziras doni al vi favoron? ". Ili ne trovos iun ajn amikon aŭ helpanton krom Allah.

قُلْ مَنْ ذَا الَّذِيْ يَعْصِمُكُمْ مِّنَ اللّٰهِ اِنْ اَرَادَ بِكُمْ
سُوْٓءًا اَوْ اَرَادَ بِكُمْ رَحْمَةً ؕ وَلَا يَجِدُوْنَ لَهُمْ
مِّنْ دُوْنِ اللّٰهِ وَلِيًّا وَّلَا نَصِيْرًا ﴿١٨﴾

19. Allah konas tiujn el vi, kiuj malhelpas, kaj tiujn, kiuj diras al siaj fratoj: "Venu ĉi tien al ni", sed iras al la batalo kun malgranda fervoro,

قَدْ يَعْلَمُ اللّٰهُ الْمُعَوِّقِيْنَ مِنْكُمْ وَالْقَآئِلِيْنَ لِاِخْوَانِهِمْ
هَلُمَّ اِلَيْنَا ۚ وَلَا يَاْتُوْنَ الْبَاْسَ اِلَّا قَلِيْلًا ﴿١٩﴾

20. avaraj kontraŭ vi. Kiam tamen alproksimiĝas la danĝero, tiam vi vidas ilin serĉi vin, turnante la okulojn kiel tiu, kiu svenas pro timo de la morto. Kiam tamen la danĝero malaperis, tiam ili trafas vin per siaj akraj langoj en sia avideco de la kaptaĵo. Ĉi tiuj ne kredis, kaj Allah neniigis iliajn farojn. Tio estas facila por Allah.

اَشِحَّةً عَلَيْكُمْ ۚۖ فَاِذَا جَآءَ الْخَوْفُ رَاَيْتَهُمْ
يَنْظُرُوْنَ اِلَيْكَ تَدُوْرُ اَعْيُنُهُمْ كَالَّذِيْ يُغْشٰى
عَلَيْهِ مِنَ الْمَوْتِ ۚ فَاِذَا ذَهَبَ الْخَوْفُ سَلَقُوْكُمْ
بِاَلْسِنَةٍ حِدَادٍ اَشِحَّةً عَلَى الْخَيْرِ ؕ اُولٰٓئِكَ لَمْ
يُؤْمِنُوْا فَاَحْبَطَ اللّٰهُ اَعْمَالَهُمْ ؕ وَكَانَ ذٰلِكَ عَلَى
اللّٰهِ يَسِيْرًا ﴿٢٠﴾

21. Ili esperas, ke la konfederacianoj ankoraŭ ne foriris, kaj se la konfederacianoj denove venus, ili preferus esti ĉe la Arabaj nomadoj, demandante ilin pri novaĵoj pri vi, kaj se ili estus ĉe vi, ili nur malmulte batalus.

يَحْسَبُوْنَ الْاَحْزَابَ لَمْ يَذْهَبُوْا ۚ وَاِنْ يَّاْتِ الْاَحْزَابُ
يَوَدُّوْا لَوْ اَنَّهُمْ بَادُوْنَ فِي الْاَعْرَابِ يَسْاَلُوْنَ عَنْ
اَنْۢبَآئِكُمْ ؕ وَلَوْ كَانُوْا فِيْكُمْ مَّا قٰتَلُوْٓا اِلَّا قَلِيْلًا ﴿٢١﴾ ع ١٨

22. Vere en la sendito vi havas belegan ekzemplon por ĉiu, kiu esperas je Allah kaj je la lasta tago kaj ofte memoras Allahon.

لَقَدْ كَانَ لَكُمْ فِيْ رَسُوْلِ اللّٰهِ اُسْوَةٌ حَسَنَةٌ لِّمَنْ كَانَ
يَرْجُوا اللّٰهَ وَالْيَوْمَ الْاٰخِرَ وَذَكَرَ اللّٰهَ كَثِيْرًا ﴿٢٢﴾

23. Kiam la kredantoj vidis la konfederacianojn, ili diris: "Tio estas, kion Allah kaj Lia sendito promesis al ni, kaj Allah kaj Lia sendito diris la veron". Kaj tio nur pliigis ilian kredon kaj ilian submetiĝon.

وَلَمَّا رَاَ الْمُؤْمِنُوْنَ الْاَحْزَابَ ۙ قَالُوْا هٰذَا مَا وَعَدَنَا
اللّٰهُ وَرَسُوْلُهٗ وَصَدَقَ اللّٰهُ وَرَسُوْلُهٗ ۫ وَمَا زَادَهُمْ
اِلَّآ اِيْمَانًا وَّتَسْلِيْمًا ﴿٢٣﴾

24. Inter la kredantoj estas iuj, kiuj estas fidelaj al la alianco, kiun ili faris kun Allah. Inter ili estas iuj, kiuj plenumis sian promeson kaj aliaj, kiuj atendas – kaj ili ne ŝanĝiĝis eĉ malmulte –

مِنَ الْمُؤْمِنِيْنَ رِجَالٌ صَدَقُوْا مَا عَاهَدُوا اللّٰهَ عَلَيْهِ

25. por ke Allah rekompencu la sincerulojn pro ilia sincereco kaj punu la hipokritulojn, se Li volas, aŭ Sin turnu al ili kompateme. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

26. Allah repuŝis la miskredantojn en ilian koleron; ili ne atingis iun ajn profiton. Allah sufiĉas al la kredantoj en la batalo. Allah estas fortega, ĉiopova.

27. Li elirigis tiujn el la popolo de la Skribo, kiuj helpis ilin, el iliaj fortikaĵoj, kaj Li estigis teruron en iliaj koroj. Iujn vi mortigis kaj iujn vi kaptis.

28. Li heredigis al vi ilian landon kaj iliajn domojn kaj iliajn propraĵojn kaj landon, sur kiun vi neniam metis vian piedon.* Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

29. Ho Profeto! Diru al viaj edzinoj: "Se vi deziregas ĉi tiun vivon kaj ĝiajn ornamaĵojn, venu, mi donos al vi provizaĵon kaj vin ellasos, liberajn, honore.

30. Se vi kontraŭe deziregas Allahon kaj Lian senditon kaj la Hejmon de la vivo venonta, vere Allah promesis al tiuj el vi, kiuj bonfaras, belegan rekompencon".

31. Ho edzinoj de la Profeto! Kiu el vi publike kondutos riproĉinde, vere por ŝi estos duobligita la puno. Tio estas facila por Allah.

*

Fino de la 21-a parto

32. Kiu el vi tamen estos obeema al Allah kaj al Lia sendito kaj bonfaros, al tiu Ni donos duoblan rekompencon, kaj Ni jam pretigis por ŝi honoran provizaĵon.

فَمِنْهُم مَّن قَضَىٰ نَحْبَهُۥ وَمِنْهُم مَّن يَنتَظِرُ ۖ وَمَا
بَدَّلُوا۟ تَبْدِيلًا ﴿٢٣﴾
لِّيَجْزِىَ ٱللَّهُ ٱلصَّٰدِقِينَ بِصِدْقِهِمْ وَيُعَذِّبَ ٱلْمُنَٰفِقِينَ
إِن شَآءَ أَوْ يَتُوبَ عَلَيْهِمْ ۚ إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ غَفُورًا
رَّحِيمًا ﴿٢٤﴾
وَرَدَّ ٱللَّهُ ٱلَّذِينَ كَفَرُوا۟ بِغَيْظِهِمْ لَمْ يَنَالُوا۟ خَيْرًا ۚ
وَكَفَى ٱللَّهُ ٱلْمُؤْمِنِينَ ٱلْقِتَالَ ۚ وَكَانَ ٱللَّهُ قَوِيًّا
عَزِيزًا ﴿٢٥﴾
وَأَنزَلَ ٱلَّذِينَ ظَٰهَرُوهُم مِّنْ أَهْلِ ٱلْكِتَٰبِ مِن
صَيَاصِيهِمْ وَقَذَفَ فِى قُلُوبِهِمُ ٱلرُّعْبَ فَرِيقًا
تَقْتُلُونَ وَتَأْسِرُونَ فَرِيقًا ﴿٢٦﴾
وَأَوْرَثَكُمْ أَرْضَهُمْ وَدِيَٰرَهُمْ وَأَمْوَٰلَهُمْ وَأَرْضًا
لَّمْ تَطَـُٔوهَا ۚ وَكَانَ ٱللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَىْءٍ قَدِيرًا ﴿٢٧﴾
يَٰٓأَيُّهَا ٱلنَّبِىُّ قُل لِّأَزْوَٰجِكَ إِن كُنتُنَّ تُرِدْنَ ٱلْحَيَوٰةَ
ٱلدُّنْيَا وَزِينَتَهَا فَتَعَالَيْنَ أُمَتِّعْكُنَّ وَأُسَرِّحْكُنَّ
سَرَاحًا جَمِيلًا ﴿٢٨﴾
وَإِن كُنتُنَّ تُرِدْنَ ٱللَّهَ وَرَسُولَهُۥ وَٱلدَّارَ ٱلْءَاخِرَةَ
فَإِنَّ ٱللَّهَ أَعَدَّ لِلْمُحْسِنَٰتِ مِنكُنَّ أَجْرًا عَظِيمًا ﴿٢٩﴾
يَٰنِسَآءَ ٱلنَّبِىِّ مَن يَأْتِ مِنكُنَّ بِفَٰحِشَةٍ مُّبَيِّنَةٍ
يُضَٰعَفْ لَهَا ٱلْعَذَابُ ضِعْفَيْنِ ۚ وَكَانَ ذَٰلِكَ عَلَى
ٱللَّهِ يَسِيرًا ﴿٣٠﴾
وَمَن يَقْنُتْ مِنكُنَّ لِلَّهِ وَرَسُولِهِۦ وَتَعْمَلْ صَٰلِحًا

---

* Batalo apud Ĥajbar

33. Ho edzinoj de la Profeto! Vi ne estas kiel iu ajn el la aliaj virinoj! Se vi estas justulinoj, ne estu afektaj en via parolo, por ke tiu, en kies koro estas malsano, ne deziru vin, sed parolu decajn vortojn.

34. Restu en viaj domoj, kaj ne montru pompe la ornamaĵojn kiel en la tempo de la nescio, kaj levu la preĝon kaj disdonu almozojn kaj obeu Allahon kaj Lian senditon. Allah volas nur forpreni de vi la malpurecon – ho vi gento de la hejmo* – kaj fari vin puraj kaj justaj.

35. Memoru tion, kio estas recitata en viaj domoj el la revelacioj de Allah kaj el la saĝo. Allah vere estas la Scianto de la Nevideblaĵoj, la Ĉiokona.

36. Vere la islamanoj kaj la islamaninoj, la kredantoj kaj la kredantinoj, la obeemuloj kaj la obeemulinoj, la sinceruloj kaj la sincerulinoj, la persistuloj kaj la persistulinoj, la humiluloj kaj la humilulinoj, la almozdonantoj kaj la almozdonantinoj, la fastantoj kaj la fastantinoj, la ĉastuloj kaj la ĉastulinoj, la viroj ofte memorantaj Allahon kaj la virinoj ofte memorantaj Allahon: Allah pretigis por ili la pardonon kaj belegan rekompencon.

37. Ne konvenas al kredanto aŭ kredantino, kiam Allah kaj Lia sendito decidis pri io, havi propran decidon pri siaj aferoj. Kiu ne obeas Allahon kaj Lian senditon, tiu vere eraras en evidenta eraro.

38. Memoru, kiam vi diris al tiu, al kiu Allah estis doninta Sian favoron, kaj al kiu ankaŭ vi estis doninta vian favoron: "Konservu vian edzinon kaj respektegu Allahon", kaj vi kaŝis en via animo, kion Allah volis malkaŝi, kaj vi timis la homojn, kvankam Allah pli indas, ke vi timu Lin. Poste tamen, kiam

* Esprimo signifanta: edzino(j) (ankaŭ nuntempe tre kutima)

نُؤْتِهَآ أَجْرَهَا مَرَّتَيْنِ وَأَعْتَدْنَا لَهَا رِزْقًا كَرِيمًا ٣٢
يَٰنِسَآءَ ٱلنَّبِيِّ لَسْتُنَّ كَأَحَدٍ مِّنَ ٱلنِّسَآءِ إِنِ ٱتَّقَيْتُنَّ
فَلَا تَخْضَعْنَ بِٱلْقَوْلِ فَيَطْمَعَ ٱلَّذِى فِى قَلْبِهِۦ مَرَضٌ
وَقُلْنَ قَوْلًا مَّعْرُوفًا ٣٣
وَقَرْنَ فِى بُيُوتِكُنَّ وَلَا تَبَرَّجْنَ تَبَرُّجَ ٱلْجَٰهِلِيَّةِ
ٱلْأُولَىٰ وَأَقِمْنَ ٱلصَّلَوٰةَ وَءَاتِينَ ٱلزَّكَوٰةَ وَأَطِعْنَ
ٱللَّهَ وَرَسُولَهُۥٓ إِنَّمَا يُرِيدُ ٱللَّهُ لِيُذْهِبَ عَنكُمُ
ٱلرِّجْسَ أَهْلَ ٱلْبَيْتِ وَيُطَهِّرَكُمْ تَطْهِيرًا ٣٤
وَٱذْكُرْنَ مَا يُتْلَىٰ فِى بُيُوتِكُنَّ مِنْ ءَايَٰتِ ٱللَّهِ وَٱلْحِكْمَةِ
إِنَّ ٱللَّهَ كَانَ لَطِيفًا خَبِيرًا ٣٥ ع
إِنَّ ٱلْمُسْلِمِينَ وَٱلْمُسْلِمَٰتِ وَٱلْمُؤْمِنِينَ وَٱلْمُؤْمِنَٰتِ
وَٱلْقَٰنِتِينَ وَٱلْقَٰنِتَٰتِ وَٱلصَّٰدِقِينَ وَٱلصَّٰدِقَٰتِ وَ
ٱلصَّٰبِرِينَ وَٱلصَّٰبِرَٰتِ وَٱلْخَٰشِعِينَ وَٱلْخَٰشِعَٰتِ
وَٱلْمُتَصَدِّقِينَ وَٱلْمُتَصَدِّقَٰتِ وَٱلصَّٰٓئِمِينَ وَٱلصَّٰٓئِمَٰتِ
وَٱلْحَٰفِظِينَ فُرُوجَهُمْ وَٱلْحَٰفِظَٰتِ وَٱلذَّٰكِرِينَ ٱللَّهَ
كَثِيرًا وَٱلذَّٰكِرَٰتِ أَعَدَّ ٱللَّهُ لَهُم مَّغْفِرَةً وَأَجْرًا
عَظِيمًا ٣٦
وَمَا كَانَ لِمُؤْمِنٍ وَلَا مُؤْمِنَةٍ إِذَا قَضَى ٱللَّهُ وَرَسُولُهُۥٓ
أَمْرًا أَن يَكُونَ لَهُمُ ٱلْخِيَرَةُ مِنْ أَمْرِهِمْ وَمَن يَعْصِ
ٱللَّهَ وَرَسُولَهُۥ فَقَدْ ضَلَّ ضَلَٰلًا مُّبِينًا ٣٧
وَإِذْ تَقُولُ لِلَّذِىٓ أَنْعَمَ ٱللَّهُ عَلَيْهِ وَأَنْعَمْتَ عَلَيْهِ
أَمْسِكْ عَلَيْكَ زَوْجَكَ وَٱتَّقِ ٱللَّهَ وَتُخْفِى فِى نَفْسِكَ

Zajd repudiis sian edzinon, Ni edzinigis ŝin kun vi, por ke inter la kredantoj ne estu maltrankvileco pri la edzinoj de la filoj adoptitaj, kiam ili estas eksedziniĝintaj. La dekreto de Allah devas esti plenumita.

39. La Profeton ne trafas riproĉo pro tio, kion Allah donis al li kiel taskon. Tiu estis la kutimo de Allah pri tiuj, kiuj estis antaŭe – la ordono de Allah estas dekreto neŝanĝebla –,

40. pri tiuj, kiuj reportis la senditaĵojn de Allah kaj respektegis Lin kaj neniun alian ol Allahon. Allah sufiĉas kiel juĝanto.

41. Mahometo ne estas la patro de iu ajn el viaj viroj,* sed la sendito de Allah kaj la sigelo de la profetoj; kaj Allah vere scias ĉion.

42. Ho vi kredantoj, memoru Allahon en ofta memoro,

43. kaj laŭdegu Lin matene kaj vespere.

44. Estas Li Tiu, kiu sendas Sian benon sur vin, kaj Liaj anĝeloj preĝas por ke Li elirigu vin el la mallumego al la lumo, kaj Li estas pardonema al la kredantoj.

45. Ilia saluto en la tago, en kiu ili renkontos Lin, estos: "Pacon! " kaj Li promesis al ili noblan rekompencon.

46. Ho vi Profeto! Ni vere sendis vin kiel atestanton kaj kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton,

47. kaj kiel vokanton al Allah per Lia ordono kaj kiel brilegantan lampon.

48. Anoncu do al la kredantoj la bonan novaĵon: ke vere por ili estos granda graco de Allah;

مَا اللّٰهُ مُبْدِيهِ وَتَخْشَى النَّاسَ ۚ وَاللّٰهُ أَحَقُّ أَنْ
تَخْشٰهُ ۖ فَلَمَّا قَضٰى زَيْدٌ مِّنْهَا وَطَرًا زَوَّجْنٰكَهَا لِكَيْ
لَا يَكُونَ عَلَى الْمُؤْمِنِينَ حَرَجٌ فِي أَزْوَاجِ أَدْعِيَائِهِمْ
إِذَا قَضَوْا مِنْهُنَّ وَطَرًا ۚ وَكَانَ أَمْرُ اللّٰهِ مَفْعُولًا ۝
مَا كَانَ عَلَى النَّبِيِّ مِنْ حَرَجٍ فِيمَا فَرَضَ اللّٰهُ لَهُ ۖ سُنَّةَ
اللّٰهِ فِي الَّذِينَ خَلَوْا مِنْ قَبْلُ ۚ وَكَانَ أَمْرُ اللّٰهِ قَدَرًا
مَّقْدُورًا ۝
الَّذِينَ يُبَلِّغُونَ رِسٰلٰتِ اللّٰهِ وَيَخْشَوْنَهُ وَلَا يَخْشَوْنَ
أَحَدًا إِلَّا اللّٰهَ ۗ وَكَفٰى بِاللّٰهِ حَسِيبًا ۝
مَا كَانَ مُحَمَّدٌ أَبَا أَحَدٍ مِّنْ رِّجَالِكُمْ وَلٰكِنْ رَّسُولَ
اللّٰهِ وَخَاتَمَ النَّبِيِّينَ ۗ وَكَانَ اللّٰهُ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمًا ۝ ع
يٰأَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا اذْكُرُوا اللّٰهَ ذِكْرًا كَثِيرًا ۝
وَسَبِّحُوهُ بُكْرَةً وَأَصِيلًا ۝
هُوَ الَّذِي يُصَلِّي عَلَيْكُمْ وَمَلٰئِكَتُهُ لِيُخْرِجَكُمْ مِّنَ
الظُّلُمٰتِ إِلَى النُّورِ ۚ وَكَانَ بِالْمُؤْمِنِينَ رَحِيمًا ۝
تَحِيَّتُهُمْ يَوْمَ يَلْقَوْنَهُ سَلٰمٌ ۚ وَأَعَدَّ لَهُمْ أَجْرًا
كَرِيمًا ۝
يٰأَيُّهَا النَّبِيُّ إِنَّا أَرْسَلْنٰكَ شَاهِدًا وَّمُبَشِّرًا وَّ
نَذِيرًا ۝
وَّدَاعِيًا إِلَى اللّٰهِ بِإِذْنِهِ وَسِرَاجًا مُّنِيرًا ۝
وَبَشِّرِ الْمُؤْمِنِينَ بِأَنَّ لَهُمْ مِّنَ اللّٰهِ فَضْلًا كَبِيرًا ۝
وَلَا تُطِعِ الْكٰفِرِينَ وَالْمُنٰفِقِينَ وَدَعْ أَذٰهُمْ وَتَوَكَّلْ

* Neniu el la viraj idoj de la Profeto fakte atingis maturan aĝon

49. kaj ne obeu la miskredantojn kaj la hipokritulojn, kaj ignoru ilian ĝuadon kaj konfidu je Allah, ĉar Allah sufiĉas kiel protektanto.

50. Ho vi kredantoj! Kiam vi edziĝis al kredantinoj kaj poste eksedziĝis, antaŭ ol vi tuŝis ilin, tiam ne estu por vi rilate al ili iu limtempo de atendado: tiuokaze do provizu ilin, kaj resendu ilin konvene.

51. Ho Profeto! Ni permesis al vi tiujn edzinojn, al kiuj vi estis promesinta doton, kaj tiujn, kiujn posedis via mano dekstra el tiuj, kiujn Allah donis al vi kiel kaptaĵon, kaj la filinojn de viaj onkloj kaj la filinojn de viaj onklinoj kaj la filinojn de la fratoj de via patrino kaj la filinojn de la fratinoj de via patrino, kiuj elmigris kun vi, kaj krome iun ajn kredantinon, kiu konfidis sian animon al la Profeto, se la Profeto deziras edziĝi al ŝi. Tio validas por vi, ne por la kredantoj. Ni vere jam anoncis, kion Ni ordonas al ili rilate al iliaj edzinoj kaj al tiuj, kiujn posedas ilia dekstra mano, tiel ke ne estiĝu iu ajn malfacilaĵo por vi. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

52. Vi povas prokrasti rilate al tiuj edzinoj, kiujn vi volas, kaj vi povas preni el ili tiujn, kiujn vi deziras, kaj se vi volas repreni iun el ili, kiun vi neglektis, tiam vin ne trafos riproĉo. Tio estas, por ke iliaj okuloj refreŝiĝu, kaj por ke ili ne afliktiĝu, kaj por ke ili estu ĉiuj kontentaj pri tio, kion vi donis al ili. Allah scias, kio estas en viaj koroj. Allah estas ĉioscia, grandanima.

53. Ne estas permesite al vi (ho sendito), preni aliajn virinojn ol ĉi tiujn ekde nun, kaj ankaŭ ne estas permesite interŝanĝi ilin por aliaj, eĉ se al vi plaĉos ilia beleco, krom tiuj, kiujn posedas via mano dekstra. Allah observas ĉiujn aferojn.

عَلَى اللّٰهِ وَكَفٰى بِاللّٰهِ وَكِيْلًا ﴿٤٩﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا اِذَا نَكَحْتُمُ الْمُؤْمِنٰتِ ثُمَّ طَلَّقْتُمُوْهُنَّ
مِنْ قَبْلِ اَنْ تَمَسُّوْهُنَّ فَمَا لَكُمْ عَلَيْهِنَّ مِنْ عِدَّةٍ
تَعْتَدُّوْنَهَا ۚ فَمَتِّعُوْهُنَّ وَسَرِّحُوْهُنَّ سَرَاحًا جَمِيْلًا ﴿٥٠﴾
يٰٓاَيُّهَا النَّبِيُّ اِنَّآ اَحْلَلْنَا لَكَ اَزْوَاجَكَ الّٰتِيْٓ اٰتَيْتَ
اُجُوْرَهُنَّ وَمَا مَلَكَتْ يَمِيْنُكَ مِمَّآ اَفَآءَ اللّٰهُ عَلَيْكَ
وَبَنٰتِ عَمِّكَ وَبَنٰتِ عَمّٰتِكَ وَبَنٰتِ خَالِكَ وَبَنٰتِ
خٰلٰتِكَ الّٰتِيْ هَاجَرْنَ مَعَكَ ۫ وَامْرَاَةً مُّؤْمِنَةً اِنْ
وَّهَبَتْ نَفْسَهَا لِلنَّبِيِّ اِنْ اَرَادَ النَّبِيُّ اَنْ يَّسْتَنْكِحَهَا ۗ
خَالِصَةً لَّكَ مِنْ دُوْنِ الْمُؤْمِنِيْنَ ۗ قَدْ عَلِمْنَا مَا
فَرَضْنَا عَلَيْهِمْ فِيْٓ اَزْوَاجِهِمْ وَمَا مَلَكَتْ اَيْمَانُهُمْ
لِكَيْلَا يَكُوْنَ عَلَيْكَ حَرَجٌ ۗ وَكَانَ اللّٰهُ غَفُوْرًا رَّحِيْمًا ﴿٥١﴾
تُرْجِيْ مَنْ تَشَآءُ مِنْهُنَّ وَتُـْٔوِيْٓ اِلَيْكَ مَنْ تَشَآءُ ۗ
وَمَنِ ابْتَغَيْتَ مِمَّنْ عَزَلْتَ فَلَا جُنَاحَ عَلَيْكَ ۗ ذٰلِكَ
اَدْنٰىٓ اَنْ تَقَرَّ اَعْيُنُهُنَّ وَلَا يَحْزَنَّ وَيَرْضَيْنَ بِمَآ
اٰتَيْتَهُنَّ كُلُّهُنَّ ۗ وَاللّٰهُ يَعْلَمُ مَا فِيْ قُلُوْبِكُمْ ۗ وَكَانَ
اللّٰهُ عَلِيْمًا حَلِيْمًا ﴿٥٢﴾
لَا يَحِلُّ لَكَ النِّسَآءُ مِنْ بَعْدُ وَلَآ اَنْ تَبَدَّلَ بِهِنَّ
مِنْ اَزْوَاجٍ وَّلَوْ اَعْجَبَكَ حُسْنُهُنَّ اِلَّا مَا مَلَكَتْ
يَمِيْنُكَ ۗ وَكَانَ اللّٰهُ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ رَّقِيْبًا ﴿٥٣﴾ ع
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَدْخُلُوْا بُيُوْتَ النَّبِيِّ اِلَّآ اَنْ
يُّؤْذَنَ لَكُمْ اِلٰى طَعَامٍ غَيْرَ نٰظِرِيْنَ اِنٰىهُ وَلٰكِنْ

54. Ho vi, kredantoj! Ne eniru la domon de la Profeto – krom se li donis al vi permeson – por iu manĝo, ne atendante la ĝustan tempon. Kontraŭe eniru ĝustatempe, kiam vi estas invititaj. Kiam vi estos manĝintaj, eliru kaj ne malŝparegu tempon babilante. Tio fakte ĝenus la Profeton, ĉar li hezitus ofendi vin. Allah tamen ne hezitas pri la vero. Kiam vi volas peti ilin* pri iu ajn afero, faru tion de malantaŭ kurteno. Tio estas pli konvena por viaj koroj kaj por iliaj koroj. Ne konvenas al vi ĝeni la senditon de Allah kaj iam edziĝi al liaj edzinoj post li. Vere tio estus monstraĵo antaŭ Allah.

55. Ĉu vi malkaŝas ion ajn, ĉu vi kaŝas ĝin, Allah vere scias ĉiujn aferojn.

56. Ne estos peko por ili* montri siajn vizaĝojn al siaj patroj, nek al siaj filoj, nek al siaj fratoj, nek al la filoj de siaj fratoj, nek al la filoj de siaj fratinoj, nek al ties virinoj, nek al tiuj, kiujn posedas ilia mano dekstra. Respektegu Allahon. Vere Allah estas atestanto de ĉiuj aferoj.

57. Allah sendas Sian benon sur la Profeton, kaj Liaj anĝeloj preĝas por li. Ho vi, kredantoj! Preĝu ankaŭ vi por li kaj deziru al li pacon, humile.

58. Vere tiujn, kiuj ĝenas Allahon kaj Lian senditon, Allah malbenos en ĉi tiu vivo kaj en la vivo venonta, kaj Li pretigos por ili punon humiligan.

59. Kaj tiuj, kiuj ofendas la kredantojn kaj la kredantinojn sen ilia kulpo, ŝarĝas sur sin mem la kalumnion kaj pekon evidentan.

60. Ho Profeto! Diru al viaj edzinoj kaj al viaj filinoj kaj al la edzinoj de la kredantoj, ke ili kovru sin per siaj vualegoj. Tiu estos la plej bona ilo, por ke oni rekonu kaj ne ofendu ilin. Allah estas senkulpigema, pardonema.

إِذَا دُعِيتُمْ فَادْخُلُوا فَإِذَا طَعِمْتُمْ فَانْتَشِرُوا وَ
لَا مُسْتَأْنِسِينَ لِحَدِيثٍ ۚ إِنَّ ذَٰلِكُمْ كَانَ يُؤْذِي
النَّبِيَّ فَيَسْتَحْيِي مِنْكُمْ ۖ وَاللَّهُ لَا يَسْتَحْيِي مِنَ الْحَقِّ ۚ
وَإِذَا سَأَلْتُمُوهُنَّ مَتَاعًا فَاسْأَلُوهُنَّ مِنْ وَرَاءِ حِجَابٍ ۚ
ذَٰلِكُمْ أَطْهَرُ لِقُلُوبِكُمْ وَقُلُوبِهِنَّ ۚ وَمَا كَانَ لَكُمْ
أَنْ تُؤْذُوا رَسُولَ اللَّهِ وَلَا أَنْ تَنْكِحُوا أَزْوَاجَهُ مِنْ
بَعْدِهِ أَبَدًا ۚ إِنَّ ذَٰلِكُمْ كَانَ عِنْدَ اللَّهِ عَظِيمًا ﴿٥٣﴾
إِنْ تُبْدُوا شَيْئًا أَوْ تُخْفُوهُ فَإِنَّ اللَّهَ كَانَ بِكُلِّ شَيْءٍ
عَلِيمًا ﴿٥٤﴾
لَا جُنَاحَ عَلَيْهِنَّ فِي آبَائِهِنَّ وَلَا أَبْنَائِهِنَّ وَلَا
إِخْوَانِهِنَّ وَلَا أَبْنَاءِ إِخْوَانِهِنَّ وَلَا أَبْنَاءِ أَخَوَاتِهِنَّ
وَلَا نِسَائِهِنَّ وَلَا مَا مَلَكَتْ أَيْمَانُهُنَّ ۗ وَاتَّقِينَ
اللَّهَ ۚ إِنَّ اللَّهَ كَانَ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ شَهِيدًا ﴿٥٥﴾
إِنَّ اللَّهَ وَمَلَائِكَتَهُ يُصَلُّونَ عَلَى النَّبِيِّ ۚ يَا أَيُّهَا الَّذِينَ
آمَنُوا صَلُّوا عَلَيْهِ وَسَلِّمُوا تَسْلِيمًا ﴿٥٦﴾
إِنَّ الَّذِينَ يُؤْذُونَ اللَّهَ وَرَسُولَهُ لَعَنَهُمُ اللَّهُ فِي
الدُّنْيَا وَالْآخِرَةِ وَأَعَدَّ لَهُمْ عَذَابًا مُهِينًا ﴿٥٧﴾
وَالَّذِينَ يُؤْذُونَ الْمُؤْمِنِينَ وَالْمُؤْمِنَاتِ بِغَيْرِ مَا
اكْتَسَبُوا فَقَدِ احْتَمَلُوا بُهْتَانًا وَإِثْمًا مُبِينًا ﴿٥٨﴾
يَا أَيُّهَا النَّبِيُّ قُلْ لِأَزْوَاجِكَ وَبَنَاتِكَ وَنِسَاءِ الْمُؤْمِنِينَ
يُدْنِينَ عَلَيْهِنَّ مِنْ جَلَابِيبِهِنَّ ۚ ذَٰلِكَ أَدْنَىٰ أَنْ
يُعْرَفْنَ فَلَا يُؤْذَيْنَ ۗ وَكَانَ اللَّهُ غَفُورًا رَحِيمًا ﴿٥٩﴾

* la edzinoj(n) de la Profeto

61. Se la hipokrituloj, kaj tiuj, en kies koroj estas malsano, kaj tiuj, kiuj estigas malpacon en la urbo,* ne forlasos, Ni certe puŝos vin (ho sendito) kontraŭ ilin; tiam ili ne restos en ĝi kiel najbaroj krom por mallonga tempo.

62. Malbenitaj ili estas! Kie ajn ili estos trovitaj, ili estu kaptitaj kaj ekzekutitaj.

63. Tiu estis la kutimo de Allah rilate al tiuj, kiuj antaŭe jam estis. La kutimo de Allah neniam ŝanĝiĝas.

64. La homoj demandas vin pri la "Horo". Diru: "Vere la scio pri ĝi estas nur ĉe Allah". Kiel vi povus fakte scii? Eble la "Horo" estas proksima.

65. Vere Allah puŝis for de Si la miskredantojn kaj pretigis por ili la flamojn.

66. Ili tie restos por ĉiam. Ili ne trovos protektanton nek helpanton.

67. En la tago, en kiu iliaj vizaĝoj turniĝos en la fajro, ili diros: "Ho bone por ni, se ni estus obeintaj Allahon kaj la senditon! ".

68. Kaj ili diros: "Ho nia Sinjoro, ni obeis niajn estrojn kaj niajn superulojn, sed ili devojigis nin de la rekta vojo.

69. Sinjoro, donu al ili duoblan punon kaj malbenu ilin per terura malbeno! ".

70. Ho vi, kredantoj! Ne estu kiel tiuj, kiuj ofendis Moseon. Allah purigis lin de tio, kion ili diris, kaj li estis tre ŝatata ĉe Allah.

71. Ho vi, kredantoj! Respektegu Allahon kaj diru nur noblajn vortojn.

---

* Medino

لَئِن لَّمْ يَنتَهِ الْمُنَافِقُونَ وَالَّذِينَ فِي قُلُوبِهِم مَّرَضٌ
وَالْمُرْجِفُونَ فِي الْمَدِينَةِ لَنُغْرِيَنَّكَ بِهِمْ ثُمَّ لَا
يُجَاوِرُونَكَ فِيهَا إِلَّا قَلِيلًا ﴿٦١﴾
مَّلْعُونِينَ ۖ أَيْنَمَا ثُقِفُوا أُخِذُوا وَقُتِّلُوا تَقْتِيلًا ﴿٦٢﴾
سُنَّةَ اللَّهِ فِي الَّذِينَ خَلَوْا مِن قَبْلُ ۖ وَلَن تَجِدَ لِسُنَّةِ
اللَّهِ تَبْدِيلًا ﴿٦٣﴾
يَسْأَلُكَ النَّاسُ عَنِ السَّاعَةِ ۖ قُلْ إِنَّمَا عِلْمُهَا عِندَ
اللَّهِ ۚ وَمَا يُدْرِيكَ لَعَلَّ السَّاعَةَ تَكُونُ قَرِيبًا ﴿٦٤﴾
إِنَّ اللَّهَ لَعَنَ الْكَافِرِينَ وَأَعَدَّ لَهُمْ سَعِيرًا ﴿٦٥﴾
خَالِدِينَ فِيهَا أَبَدًا ۖ لَّا يَجِدُونَ وَلِيًّا وَلَا نَصِيرًا ﴿٦٦﴾
يَوْمَ تُقَلَّبُ وُجُوهُهُمْ فِي النَّارِ يَقُولُونَ يَا لَيْتَنَا
أَطَعْنَا اللَّهَ وَأَطَعْنَا الرَّسُولَا ﴿٦٧﴾
وَقَالُوا رَبَّنَا إِنَّا أَطَعْنَا سَادَتَنَا وَكُبَرَاءَنَا فَأَضَلُّونَا
السَّبِيلَا ﴿٦٨﴾
رَبَّنَا آتِهِمْ ضِعْفَيْنِ مِنَ الْعَذَابِ وَالْعَنْهُمْ لَعْنًا
كَبِيرًا ﴿٦٩﴾ ع ٥
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا تَكُونُوا كَالَّذِينَ آذَوْا مُوسَىٰ
فَبَرَّأَهُ اللَّهُ مِمَّا قَالُوا ۚ وَكَانَ عِندَ اللَّهِ وَجِيهًا ﴿٧٠﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا اتَّقُوا اللَّهَ وَقُولُوا قَوْلًا سَدِيدًا ﴿٧١﴾
يُصْلِحْ لَكُمْ أَعْمَالَكُمْ وَيَغْفِرْ لَكُمْ ذُنُوبَكُمْ ۗ وَمَن
يُطِعِ اللَّهَ وَرَسُولَهُ فَقَدْ فَازَ فَوْزًا عَظِيمًا ﴿٧٢﴾
إِنَّا عَرَضْنَا الْأَمَانَةَ عَلَى السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَ

72. Li faros justaj viajn agojn kaj Li pardonos al vi viajn pekojn. Kiu obeas Allahon kaj Lian senditon, tiu certe atingos grandan sukceson.

الْجِبَالِ فَأَبَيْنَ أَن يَحْمِلْنَهَا وَأَشْفَقْنَ مِنْهَا وَحَمَلَهَا
الْإِنسَانُ إِنَّهُ كَانَ ظَلُومًا جَهُولًا ﴿٧٢﴾

73. Ni vere donis la leĝon al la ĉieloj kaj al la tero kaj al la montoj, sed ili rifuzis porti ĝin, ĉar ili timis ĝin, sed la homo akceptis ĝin.* Vere li estas maljusta kaj nescia.

لِّيُعَذِّبَ اللَّهُ الْمُنَافِقِينَ وَالْمُنَافِقَاتِ وَالْمُشْرِكِينَ
وَالْمُشْرِكَاتِ وَيَتُوبَ اللَّهُ عَلَى الْمُؤْمِنِينَ وَالْمُؤْمِنَاتِ
وَكَانَ اللَّهُ غَفُورًا رَّحِيمًا ﴿٧٣﴾

74. La sekvo estas, ke Allah punos la hipokritulojn kaj la hipokritulinojn kaj la idolanojn kaj la idolaninojn, kaj Allah turnos Sin kompateme al la kredantoj kaj al la kredantinoj, kaj Allah estas senkulpigema, pardonema.

* Temas pri la morala leĝo, kiun oni povas obei aŭ malobei

سُورَةُ سَبَإٍ مَكِّيَّةٌ (٣٤)

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Estu laŭdegata Allah, al kiu apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero, kaj al Li apartenas la laŭdo en la vivo venonta. Li estas la Saĝa, la Ĉioscia.

3. Li scias, kio iras en la teron, kio eliras el ĝi, kaj kio malsupreniras el la ĉielo, kaj kio supreniras al ĝi. Li estas la Pardonema, la Senkulpigema.

4. Diras la miskredantoj: "La "Horo" ne venos por ni". Diru: "Male, jes! Per mia Sinjoro, la Scianto de la sekretoj, ĝi certe venos sur vin! Al Li ne estas kaŝita eĉ la pezo de unu sablero en la ĉieloj kaj sur la tero; ne ekzistas io ajn, pli malgranda aŭ pli granda ol tio, kio ankoraŭ ne troviĝus en klara Libro,

5. por ke Li rekompencu la kredantojn kaj la bonfarantojn. Estas ili tiuj, al kiuj apartenos la pardono kaj la honora provizaĵo".

6. Tiuj tamen, kiuj provas strebi kontraŭ Niaj revelacioj, por ili la repago estos dolora puno.

7. Tiuj, al kiuj estis donita la vera scio, vidas, ke tio, kio estis revelaciita al vi, estas la vero de via Sinjoro, kaj ke ĝi gvidas al la vojo de la Ĉiopova, de la Laŭdegenda.

8. La miskredantoj diras: "Ĉu ni montru al vi viron, kiu anoncas al vi, ke, eĉ se vi estus dispecigitaj, vi vere fariĝus nova kreo? ".

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ①

الْحَمْدُ لِلَّهِ الَّذِي لَهُ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ
وَلَهُ الْحَمْدُ فِي الْآخِرَةِ ۚ وَهُوَ الْحَكِيمُ الْخَبِيرُ ②

يَعْلَمُ مَا يَلِجُ فِي الْأَرْضِ وَمَا يَخْرُجُ مِنْهَا وَمَا
يَنْزِلُ مِنَ السَّمَاءِ وَمَا يَعْرُجُ فِيهَا ۚ وَهُوَ الرَّحِيمُ
الْغَفُورُ ③

وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا لَا تَأْتِينَا السَّاعَةُ ۖ قُلْ بَلَىٰ وَ
رَبِّي لَتَأْتِيَنَّكُمْ عَالِمِ الْغَيْبِ ۖ لَا يَعْزُبُ عَنْهُ مِثْقَالُ
ذَرَّةٍ فِي السَّمَاوَاتِ وَلَا فِي الْأَرْضِ وَلَا أَصْغَرُ مِنْ
ذَٰلِكَ وَلَا أَكْبَرُ إِلَّا فِي كِتَابٍ مُبِينٍ ④

لِيَجْزِيَ الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ ۚ أُولَٰئِكَ لَهُمْ
مَغْفِرَةٌ وَرِزْقٌ كَرِيمٌ ⑤

وَالَّذِينَ سَعَوْا فِي آيَاتِنَا مُعَاجِزِينَ أُولَٰئِكَ لَهُمْ عَذَابٌ
مِنْ رِجْزٍ أَلِيمٌ ⑥

وَيَرَى الَّذِينَ أُوتُوا الْعِلْمَ الَّذِي أُنْزِلَ إِلَيْكَ مِنْ
رَبِّكَ هُوَ الْحَقَّ وَيَهْدِي إِلَىٰ صِرَاطِ الْعَزِيزِ
الْحَمِيدِ ⑦

وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا هَلْ نَدُلُّكُمْ عَلَىٰ رَجُلٍ يُنَبِّئُكُمْ
إِذَا مُزِّقْتُمْ كُلَّ مُمَزَّقٍ إِنَّكُمْ لَفِي خَلْقٍ جَدِيدٍ ⑧

---

* v. la verson 16an

9. Ĉu li elpensis mensogon kontraŭ Allah, aŭ ĉu li estas freneza? Ne! Male, tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta, troviĝas en puno kaj grandega eraro.

أَفْتَرَىٰ عَلَى اللَّهِ كَذِبًا أَم بِهِ جِنَّةٌ ۗ بَلِ الَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ
بِالْآخِرَةِ فِي الْعَذَابِ وَالضَّلَالِ الْبَعِيدِ ٩

10. Ĉu ili do ne vidis, kio estas antaŭ ili, kaj kio estas malantaŭ ili, el la ĉielo kaj el la tero? Se Ni volus, Ni povus neniigi ilin en la lando aŭ faligi sur ilin pecojn de ĉielo. Vere en tio estas signo por ĉiu servanto, kiu konvertiĝas.

أَفَلَمْ يَرَوْا إِلَىٰ مَا بَيْنَ أَيْدِيهِمْ وَمَا خَلْفَهُم مِّنَ السَّمَاءِ
وَالْأَرْضِ ۚ إِن نَّشَأْ نَخْسِفْ بِهِمُ الْأَرْضَ أَوْ نُسْقِطْ
عَلَيْهِمْ كِسَفًا مِّنَ السَّمَاءِ ۚ إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَةً لِّكُلِّ عَبْدٍ
مُّنِيبٍ ١٠ ع

11. Vere Ni donis al David Nian gracon: "Ho montoj, kantu kun li la laŭdon, kaj ankaŭ vi, ho birdoj! " kaj Ni moligis la feron por li:

وَلَقَدْ آتَيْنَا دَاوُودَ مِنَّا فَضْلًا ۖ يَا جِبَالُ أَوِّبِي مَعَهُ وَ
الطَّيْرَ ۖ وَأَلَنَّا لَهُ الْحَدِيدَ ١١

12. "Konstruu maŝkirasojn kaj ordigu bone la maŝojn kaj bonfaru! Mi vere vidas, kion vi faras".

أَنِ اعْمَلْ سَابِغَاتٍ وَقَدِّرْ فِي السَّرْدِ ۖ وَاعْمَلُوا صَالِحًا ۖ
إِنِّي بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ١٢

13. Por Salomono Ni faris la venton favora: ĝi traflugis en unu mateno la tutan vojon de unumonata vojaĝo* kaj same en unu vespero, kaj Ni fluigis por Li fonton el fandita ferŝtono. Inter la Ĝinnoj** estis iuj, kiuj laboris sub li laŭ la ordono de lia Sinjoro, kaj, se iu el ili turnus sin for de Nia ordono, Ni gustumigus al li la punon de la flamoj.

وَلِسُلَيْمَانَ الرِّيحَ غُدُوُّهَا شَهْرٌ وَرَوَاحُهَا شَهْرٌ ۖ وَ
أَسَلْنَا لَهُ عَيْنَ الْقِطْرِ ۖ وَمِنَ الْجِنِّ مَن يَعْمَلُ بَيْنَ
يَدَيْهِ بِإِذْنِ رَبِّهِ ۖ وَمَن يَزِغْ مِنْهُمْ عَنْ أَمْرِنَا نُذِقْهُ
مِنْ عَذَابِ السَّعِيرِ ١٣

14. Ili faris por li, kion li volis: palacojn, statuojn, pelvojn similajn al lagetoj kaj firmajn kaldronojn: "Laboru, vi, gento de David, dankeme! ". Nur malmultaj el Miaj servantoj estas dankaj.

يَعْمَلُونَ لَهُ مَا يَشَاءُ مِن مَّحَارِيبَ وَتَمَاثِيلَ وَجِفَانٍ
كَالْجَوَابِ وَقُدُورٍ رَّاسِيَاتٍ ۚ اعْمَلُوا آلَ دَاوُودَ شُكْرًا ۚ
وَقَلِيلٌ مِّنْ عِبَادِيَ الشَّكُورُ ١٤

فَلَمَّا قَضَيْنَا عَلَيْهِ الْمَوْتَ مَا دَلَّهُمْ عَلَىٰ مَوْتِهِ إِلَّا
دَابَّةُ الْأَرْضِ تَأْكُلُ مِنسَأَتَهُ ۖ فَلَمَّا خَرَّ تَبَيَّنَتِ
الْجِنُّ أَن لَّوْ كَانُوا يَعْلَمُونَ الْغَيْبَ مَا لَبِثُوا فِي
الْعَذَابِ الْمُهِينِ ١٥

لَقَدْ كَانَ لِسَبَإٍ فِي مَسْكَنِهِمْ آيَةٌ ۖ جَنَّتَانِ عَن يَمِينٍ

---

* Tio signifas, laŭ iuj ekzegezistoj: faciligante la komercon kompare kun la karavanoj, perŝipe.

** Pri la esenco de la "Ĝinnoj" ne ekzistas ĝenerala konsento. Iuj modernaj interpretistoj tamen rifuzas la kutiman opinion, ke temus pri plimalpli spritaj aŭ koleretigaj spiritetoj aŭ spiritegoj. Kontraŭe, oni supozas ke tiu esprimo "ĝinnoj" tute simple signifas "superuloj" t.e. homoj de privilegiaj klasoj

15. Kiam Ni dekretis por li la morton, nenio alia montris al ili lian morton ol vermo de la tero, kiu manĝis lian regbastonon; tiam komprenis la Ĝinnoj, kiam li falis, ke, se ili estus sciintaj la sekreton, ili ne estus devintaj suferi pro la hontiga laboro.

16. Vere estis por la gento de Ŝebā signo en ilia patrujo: du ĝardenoj, dekstre kaj maldekstre: "Manĝu el la provizaĵo de via Sinjoro kaj danku Lin. Por vi estas belega urbo kaj senkulpigema Sinjoro! ".

17. Ili tamen turnis sin for, do Ni sendis kontraŭ ilin inundon kaj Ni donis al ili, anstataŭ la du ĝardenojn, du aliajn ĝardenojn kun maldolĉaj fruktoj, tamarisko kaj malmultaj lotusarboj.

18. Tion Ni donis al ili, ĉar ili nekredis, kaj tiel Ni repagas nur la sendankulojn.

19. Ni estigis inter ili kaj la urboj, kiujn Ni benis, aliajn bone videblajn urbojn, kaj Ni faciligis la vojaĝon inter ili: "Vojaĝu tie nokte kaj tage, sekuraj! ".

20. Ili tamen diris: "Nia Sinjoro, metu pli grandan interspacon inter la staciojn", kaj ili pekis kontraŭ si mem; tial Ni faris ilin objektoj de legendoj, kaj Ni disŝiris ilin en pecojn. Vere en tio estas signo por ĉiu persistulo, dankulo.

21. Vere Iblīs pruvis, ke lia opinio estis ĝusta, kaj ili sekvis lin, krom iuj el la kredantoj.

22. Li ne havis iun povon super ili, Ni volis nur distingi tiun, kiu kredis al la vivo venonta, de tiu, kiu dubis pri ĝi. Via Sinjoro gardas ĉiujn aferojn.

23. Diru: "Alvoku tiujn, kiujn vi imagas apud Allah! Ili ne havas povon, eĉ tiel malgrandan kiel sablero, en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj

وَشِمَالٍ ۖ كُلُوا مِن رِّزْقِ رَبِّكُمْ وَاشْكُرُوا لَهُ ۚ بَلْدَةٌ
طَيِّبَةٌ وَرَبٌّ غَفُورٌ ﴿١٥﴾
فَأَعْرَضُوا فَأَرْسَلْنَا عَلَيْهِمْ سَيْلَ الْعَرِمِ وَبَدَّلْنَاهُم
بِجَنَّتَيْهِمْ جَنَّتَيْنِ ذَوَاتَيْ أُكُلٍ خَمْطٍ وَأَثْلٍ وَشَيْءٍ
مِّن سِدْرٍ قَلِيلٍ ﴿١٦﴾
ذَٰلِكَ جَزَيْنَاهُم بِمَا كَفَرُوا ۖ وَهَلْ نُجَازِي إِلَّا الْكَفُورَ ﴿١٧﴾
وَجَعَلْنَا بَيْنَهُمْ وَبَيْنَ الْقُرَى الَّتِي بَارَكْنَا فِيهَا
قُرًى ظَاهِرَةً وَقَدَّرْنَا فِيهَا السَّيْرَ ۖ سِيرُوا فِيهَا
لَيَالِيَ وَأَيَّامًا آمِنِينَ ﴿١٨﴾
فَقَالُوا رَبَّنَا بَاعِدْ بَيْنَ أَسْفَارِنَا وَظَلَمُوا أَنفُسَهُمْ
فَجَعَلْنَاهُمْ أَحَادِيثَ وَمَزَّقْنَاهُمْ كُلَّ مُمَزَّقٍ ۚ إِنَّ فِي
ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِّكُلِّ صَبَّارٍ شَكُورٍ ﴿١٩﴾
وَلَقَدْ صَدَّقَ عَلَيْهِمْ إِبْلِيسُ ظَنَّهُ فَاتَّبَعُوهُ إِلَّا
فَرِيقًا مِّنَ الْمُؤْمِنِينَ ﴿٢٠﴾
وَمَا كَانَ لَهُ عَلَيْهِم مِّن سُلْطَانٍ إِلَّا لِنَعْلَمَ مَن يُؤْمِنُ
بِالْآخِرَةِ مِمَّنْ هُوَ مِنْهَا فِي شَكٍّ ۗ وَرَبُّكَ عَلَىٰ كُلِّ
شَيْءٍ حَفِيظٌ ﴿٢١﴾
قُلِ ادْعُوا الَّذِينَ زَعَمْتُم مِّن دُونِ اللَّهِ ۖ لَا يَمْلِكُونَ
مِثْقَالَ ذَرَّةٍ فِي السَّمَاوَاتِ وَلَا فِي الْأَرْضِ وَمَا لَهُمْ
فِيهِمَا مِن شِرْكٍ وَمَا لَهُ مِنْهُم مِّن ظَهِيرٍ ﴿٢٢﴾
وَلَا تَنفَعُ الشَّفَاعَةُ عِندَهُ إِلَّا لِمَنْ أَذِنَ لَهُ ۚ حَتَّىٰ
إِذَا فُزِّعَ عَن قُلُوبِهِمْ قَالُوا مَاذَا قَالَ رَبُّكُمْ ۖ قَالُوا

ili ne partoprenas je ili, kaj Li ne havas helpanton inter ili".

24. Al ili ankaŭ ne utilas iu propeto ĉe Li krom por tiu, al kiu Li permesis tion. Kiam estos malaperinta la timego el iliaj koroj, kaj ili diros: "Kion diras via Sinjoro? ", oni respondos: "La veron! ". Li estas la Eminenta, la Grandega.

25. Diru: "Kiu provizas vin el la ĉieloj kaj el la tero? ". Diru: "Allah! Aŭ ni, aŭ vi, estas sur la rekta vojo aŭ en evidenta eraro".

26. Diru: "Vi ne estos demanditaj pri niaj pekoj, kaj ni ne estos demanditaj pri tio, kion vi faras".

27. Diru: "Nia Sinjoro kunvenigos nin, poste Li juĝos inter ni laŭvere; Li estas la plej bona Juĝanto, la Ĉioscia".

28. Diru: "Montru al mi tiujn, kiujn vi aldonis al Li kiel rivalojn. Nenio! Ne! Li estas Allah, la Ĉiopova, la Saĝa".

29. Ni sendis vin nur kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton por la tuta homaro, sed la plej multaj el la homoj ne scias tion.

30. Ili diras: "Kiam plenumiĝos ĉi tiu promeso, se vi estas sinceraj? ".

31. Diru: "Por vi estas limtempo de unu tago; vi ne povas prokrasti ĝin eĉ unu momenton, nek akceli ĝin".

32. Diras la miskredantoj: "Ni neniam kredos al ĉi tiu Korano, nek al tio, kio estis antaŭ ĝi". Se vi nur vidus, kiam la maipieguloj estos starigitaj antaŭ sia Sinjoro, kiel ili kulpigos unu la alian! Diros la malŝatitaj al la fieregulo: "Se ne estus pro via kulpo, ni estus kredintaj! ".

الْحَقَّ وَهُوَ الْعَلِيُّ الْكَبِيرُ ﴿٢٤﴾
قُلْ مَنْ يَرْزُقُكُمْ مِنَ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ قُلِ اللّٰهُ
وَإِنَّا أَوْ إِيَّاكُمْ لَعَلٰى هُدًى أَوْ فِي ضَلٰلٍ مُبِينٍ ﴿٢٥﴾
قُلْ لَا تُسْـَٔلُونَ عَمَّا أَجْرَمْنَا وَلَا نُسْـَٔلُ عَمَّا تَعْمَلُونَ ﴿٢٦﴾
قُلْ يَجْمَعُ بَيْنَنَا رَبُّنَا ثُمَّ يَفْتَحُ بَيْنَنَا بِالْحَقِّ وَهُوَ
الْفَتَّاحُ الْعَلِيمُ ﴿٢٧﴾
قُلْ أَرُونِيَ الَّذِينَ أَلْحَقْتُمْ بِهِ شُرَكَآءَ كَلَّا بَلْ هُوَ
اللّٰهُ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿٢٨﴾
وَمَآ أَرْسَلْنٰكَ إِلَّا كَآفَّةً لِلنَّاسِ بَشِيرًا وَنَذِيرًا وَ
لٰكِنَّ أَكْثَرَ النَّاسِ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٢٩﴾
وَيَقُولُونَ مَتٰى هٰذَا الْوَعْدُ إِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِينَ ﴿٣٠﴾
قُلْ لَكُمْ مِيعَادُ يَوْمٍ لَا تَسْتَـْٔخِرُونَ عَنْهُ سَاعَةً
وَلَا تَسْتَقْدِمُونَ ﴿٣١﴾ ع
وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا لَنْ نُؤْمِنَ بِهٰذَا الْقُرْاٰنِ وَلَا
بِالَّذِي بَيْنَ يَدَيْهِ وَلَوْ تَرٰى إِذِ الظّٰلِمُونَ مَوْقُوفُونَ
عِنْدَ رَبِّهِمْ يَرْجِعُ بَعْضُهُمْ إِلٰى بَعْضٍ الْقَوْلَ
يَقُولُ الَّذِينَ اسْتُضْعِفُوا لِلَّذِينَ اسْتَكْبَرُوا لَوْلَا أَنْتُمْ
لَكُنَّا مُؤْمِنِينَ ﴿٣٢﴾
قَالَ الَّذِينَ اسْتَكْبَرُوا لِلَّذِينَ اسْتُضْعِفُوا أَنَحْنُ
صَدَدْنٰكُمْ عَنِ الْهُدٰى بَعْدَ إِذْ جَآءَكُمْ بَلْ كُنْتُمْ
مُجْرِمِينَ ﴿٣٣﴾
وَقَالَ الَّذِينَ اسْتُضْعِفُوا لِلَّذِينَ اسْتَكْبَرُوا بَلْ مَكْرُ

33. Diros tiam la fiereguloj al la malŝatitaj: "Ĉu ni eble devojigis vin de la gvidado, post kiam ĝi venis al vi? Ne! Vi mem estas kulpaj! ".

34. Kaj diros la malŝatitaj al la fiereguloj: "Ne! Viaj intrigoj, nokte kaj tage, estis kulpaj, kiam vi ordonis al iu nekredi je Allah kaj aldoni al Li rivalojn". Kaj ili estos plenaj de pento, kiam ili vidos la punon, kaj Ni ligos per ligiloj la nukojn de la miskredantoj. Ili estos nur rekompencitaj pro tio, kion ili faris.

35. Kaj ĉiam, kiam Ni sendis admonanton al iu urbo, la riĉuloj en ĝi diris: "Ni certe negas tion, kun kio vi estas sendita".

36. Ili diris: "Ni estas riĉaj je propraĵoj kaj filoj, kaj ni ne estos punitaj".

37. Diru: "Vere mia Sinjoro pliigas kaj malpliigas la provizaĵojn, por kiu Li volas, sed la plej multaj homoj ne scias tion".

38. Nek viaj propraĵoj nek viaj filoj alproksimigos vin al Ni; sed tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, ricevos multoblan rekompencon pro iliaj agoj, kaj ili estos sekuraj sur la altaĵoj de la Paradizo.

39. Tiuj tamen, kiuj provas strebi kontraŭ Niaj revelacioj, estos kondukitaj en la turmenton.

40. Diru: "Vere mia Sinjoro pliigas kaj malpliigas la provizaĵojn por tiu el Siaj servantoj, por kiu Li volas. Tion, kion vi almozdonas, Li redonos al vi. Li estas la plej bona provizanto".

41. En la tago, en kiu Li kunvenigos ilin ĉiujn, Li diros al la anĝeloj: "Ĉu estas vi tiuj, kiujn ĉi tiuj homoj adoris? ".

الَّيْلِ وَالنَّهَارِ إِذْ تَأْمُرُونَنَا أَنْ نَكْفُرَ بِاللَّهِ وَنَجْعَلَ
لَهُ أَنْدَادًا ۚ وَأَسَرُّوا النَّدَامَةَ لَمَّا رَأَوُا الْعَذَابَ ۚ وَ
جَعَلْنَا الْأَغْلَالَ فِي أَعْنَاقِ الَّذِينَ كَفَرُوا ۚ هَلْ يُجْزَوْنَ
إِلَّا مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٣٤﴾
وَمَا أَرْسَلْنَا فِي قَرْيَةٍ مِنْ نَذِيرٍ إِلَّا قَالَ مُتْرَفُوهَا
إِنَّا بِمَا أُرْسِلْتُمْ بِهِ كَافِرُونَ ﴿٣٥﴾
وَقَالُوا نَحْنُ أَكْثَرُ أَمْوَالًا وَأَوْلَادًا وَمَا نَحْنُ بِمُعَذَّبِينَ ﴿٣٦﴾
قُلْ إِنَّ رَبِّي يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَشَاءُ وَيَقْدِرُ وَلَٰكِنَّ
أَكْثَرَ النَّاسِ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٣٧﴾ ع
وَمَا أَمْوَالُكُمْ وَلَا أَوْلَادُكُمْ بِالَّتِي تُقَرِّبُكُمْ عِنْدَنَا
زُلْفَىٰ إِلَّا مَنْ آمَنَ وَعَمِلَ صَالِحًا فَأُولَٰئِكَ لَهُمْ
جَزَاءُ الضِّعْفِ بِمَا عَمِلُوا وَهُمْ فِي الْغُرُفَاتِ آمِنُونَ ﴿٣٨﴾
وَالَّذِينَ يَسْعَوْنَ فِي آيَاتِنَا مُعَاجِزِينَ أُولَٰئِكَ فِي
الْعَذَابِ مُحْضَرُونَ ﴿٣٩﴾
قُلْ إِنَّ رَبِّي يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَشَاءُ مِنْ عِبَادِهِ وَ
يَقْدِرُ لَهُ ۚ وَمَا أَنْفَقْتُمْ مِنْ شَيْءٍ فَهُوَ يُخْلِفُهُ ۖ وَ
هُوَ خَيْرُ الرَّازِقِينَ ﴿٤٠﴾
وَيَوْمَ يَحْشُرُهُمْ جَمِيعًا ثُمَّ يَقُولُ لِلْمَلَائِكَةِ أَهَٰؤُلَاءِ
إِيَّاكُمْ كَانُوا يَعْبُدُونَ ﴿٤١﴾
قَالُوا سُبْحَانَكَ أَنْتَ وَلِيُّنَا مِنْ دُونِهِمْ ۖ بَلْ كَانُوا
يَعْبُدُونَ الْجِنَّ ۖ أَكْثَرُهُمْ بِهِمْ مُؤْمِنُونَ ﴿٤٢﴾
فَالْيَوْمَ لَا يَمْلِكُ بَعْضُكُمْ لِبَعْضٍ نَفْعًا وَلَا ضَرًّا

42. Ili respondos: "Sankta estas Vi! Vi estas nia amiko, ne ili. Ne! Ili adoris la Ginnojn. La plej multaj el ili kredis je ili".

43. "Hodiaŭ vi do ne utilu unu al la alia, nek malutilu", kaj Ni diros al la malpieguloj: "Gustumu la turmenton de la fajro, kiun vi kutimis negi".

44. Kiam Niaj klaraj revelacioj estas proklamataj al ili, ili diras: "Ĉi tiu estas nur viro, kiu volus forigi vin de tio, kion kutimis adori viaj patroj", kaj ili diros: "Ĉi tiu Korano estas nur mensogo elpensita", kaj diros la miskredantoj pri la vero, kiam ĝi venas al ili: "Ĉi tio estas nur evidenta magio".

45. Ni ne donis al ili librojn por studi kaj Ni ne sendis al ili admonanton antaŭ vi.

46. Tiuj, kiuj estis antaŭ ili, simile negis – kaj ĉi tiuj ne atingis eĉ dekonon de tio, kion Ni donis al tiuj – tamen ili kulpigis pri mensogo Miajn senditojn. Kiel granda tamen estis la sekvo de la kulpigo!

47. Diru: "Vere mi admonas vin nur pri io: ke vi staru antaŭ Allah duope kaj triope, poste vi pripensos. Ne estas frenezo en via samtribano. Li estas nur admonanto por vi, antaŭ ol venos severa puno! ".

48. Diru: "Kiun ajn salajron mi petis de vi, tiu restu via. Mia rekompenco estas nur ĉe Allah. Li vere estas atestanto de ĉiuj aferoj".

49. Diru: "Vere mia Sinjoro, la Scianto de la Nevideblaĵoj, rompas la mensogon per la vero".

50. Diru: "Venis la vero, kaj la falso ne povas krei ion, nek rekrei ion".

51. Diru: "Se mi eraras, tiam mi eraras nur kontraŭ mi mem, kaj, se mi estas rekte gvi-

وَنَقُولُ لِلَّذِينَ ظَلَمُوا ذُوقُوا عَذَابَ النَّارِ الَّتِي كُنتُم بِهَا تُكَذِّبُونَ ﴿٤٣﴾
وَإِذَا تُتْلَىٰ عَلَيْهِمْ آيَاتُنَا بَيِّنَاتٍ قَالُوا مَا هَٰذَا إِلَّا رَجُلٌ يُرِيدُ أَن يَصُدَّكُمْ عَمَّا كَانَ يَعْبُدُ آبَاؤُكُمْ وَقَالُوا مَا هَٰذَا إِلَّا إِفْكٌ مُّفْتَرًى وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا لِلْحَقِّ لَمَّا جَاءَهُمْ إِنْ هَٰذَا إِلَّا سِحْرٌ مُّبِينٌ ﴿٤٤﴾
وَمَا آتَيْنَاهُم مِّن كُتُبٍ يَدْرُسُونَهَا وَمَا أَرْسَلْنَا إِلَيْهِمْ قَبْلَكَ مِن نَّذِيرٍ ﴿٤٥﴾
وَكَذَّبَ الَّذِينَ مِن قَبْلِهِمْ وَمَا بَلَغُوا مِعْشَارَ مَا آتَيْنَاهُمْ فَكَذَّبُوا رُسُلِي فَكَيْفَ كَانَ نَكِيرِ ﴿٤٦﴾ ع
قُلْ إِنَّمَا أَعِظُكُم بِوَاحِدَةٍ أَن تَقُومُوا لِلَّهِ مَثْنَىٰ وَفُرَادَىٰ ثُمَّ تَتَفَكَّرُوا مَا بِصَاحِبِكُم مِّن جِنَّةٍ إِنْ هُوَ إِلَّا نَذِيرٌ لَّكُم بَيْنَ يَدَيْ عَذَابٍ شَدِيدٍ ﴿٤٧﴾
قُلْ مَا سَأَلْتُكُم مِّنْ أَجْرٍ فَهُوَ لَكُمْ إِنْ أَجْرِيَ إِلَّا عَلَى اللَّهِ وَهُوَ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ شَهِيدٌ ﴿٤٨﴾
قُلْ إِنَّ رَبِّي يَقْذِفُ بِالْحَقِّ عَلَّامُ الْغُيُوبِ ﴿٤٩﴾
قُلْ جَاءَ الْحَقُّ وَمَا يُبْدِئُ الْبَاطِلُ وَمَا يُعِيدُ ﴿٥٠﴾
قُلْ إِن ضَلَلْتُ فَإِنَّمَا أَضِلُّ عَلَىٰ نَفْسِي وَإِنِ اهْتَدَيْتُ فَبِمَا يُوحِي إِلَيَّ رَبِّي إِنَّهُ سَمِيعٌ قَرِيبٌ ﴿٥١﴾
وَلَوْ تَرَىٰ إِذْ فَزِعُوا فَلَا فَوْتَ وَأُخِذُوا مِن مَّكَانٍ قَرِيبٍ ﴿٥٢﴾
وَقَالُوا آمَنَّا بِهِ وَأَنَّىٰ لَهُمُ التَّنَاوُشُ مِن مَّكَانٍ

data, tiam estas per tio, kion mia Sinjoro revelaciis al mi, la Ĉioaŭda, la Proksima".

52. Se vi nur vidus, kiam ili estos batitaj en timo kaj ne povos fuĝi, ĉar ili estos kaptitaj de proksime!

53. Tiam ili diros: "Ni kredas je ĝi! "; tamen, kiel estus eble por ili atingi la kredon en loko tiel malproksima,

54. post kiam ili rifuzis ĝin antaŭe, kaj ĵetis ofendojn kontraŭ la Nevideblaĵo el loko malproksima?

55. Nesuperebla baro estiĝos inter ili kaj tio, kion ili deziregas, kiel okazis al similaj antaŭe. Vere ankaŭ ili estis en maltrankviliga dubo.

بَعِيدٍ ۝٥٣
وَقَدْ كَفَرُوا بِهِ مِن قَبْلُ ۖ وَيَقْذِفُونَ بِالْغَيْبِ مِن
مَّكَانٍ بَعِيدٍ ۝٥٤
وَحِيلَ بَيْنَهُمْ وَبَيْنَ مَا يَشْتَهُونَ كَمَا فُعِلَ
بِأَشْيَاعِهِم مِّن قَبْلُ ۚ إِنَّهُمْ كَانُوا فِي شَكٍّ مُّرِيبٍ ۝٥٥




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Estu laŭdegata Allah, la Kreinto de la ĉieloj kaj de la tero, kiu faras el la anĝeloj senditojn, dotitajn per flugiloj, po du, po tri, po kvar. Li aldonas al la kreo, kion Li volas. Vere Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

3. Tion, kion Allah donas al la homoj el Sia kompato, neniu povas repreni, kaj tion, kion Li reprenas, neniu povas redoni post Li. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

4. Ho vi, homoj! Memoru la gracon de Allah al vi! Ĉu ekzistas Kreinto alia ol Allah, kiu provizas vin el la ĉielo kaj el la tero? Ne ekzistas alia Dio ol Li. Kiel vi povas turni vin for?

5. Se ili kulpigas vin pri mensogo, sciu, ke vere antaŭ vi ankaŭ aliaj senditoj estis kulpigitaj. Al Allah revenos ĉiuj aferoj.

6. Ho vi, homoj! Vere la promeso de Allah estas vera, do ne lasu ĉi tiun vivon trompi vin, kaj ne lasu la Trompiston trompi vin pri Allah.

7. Vere Satano estas via malamiko, do rigardu lin malamiko. Li vere vokas siajn sekvantojn, por ke ili fariĝu loĝantoj de la flamoj.

8. Por la miskredantoj estos severa puno, kaj por la kredantoj kaj bonfarantoj estos pardono kaj granda rekompenco.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
اَلْحَمْدُ لِلّٰهِ فَاطِرِ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ جَاعِلِ
الْمَلٰٓئِكَةِ رُسُلًا اُولِيْٓ اَجْنِحَةٍ مَّثْنٰى وَثُلٰثَ وَرُبٰعَ
يَزِيْدُ فِي الْخَلْقِ مَا يَشَآءُ اِنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيْرٌ (٢)
مَا يَفْتَحِ اللّٰهُ لِلنَّاسِ مِنْ رَّحْمَةٍ فَلَا مُمْسِكَ لَهَا
وَمَا يُمْسِكْ فَلَا مُرْسِلَ لَهٗ مِنْ بَعْدِهٖ وَهُوَ الْعَزِيْزُ
الْحَكِيْمُ (٣)
يٰٓاَيُّهَا النَّاسُ اذْكُرُوْا نِعْمَتَ اللّٰهِ عَلَيْكُمْ هَلْ
مِنْ خَالِقٍ غَيْرُ اللّٰهِ يَرْزُقُكُمْ مِّنَ السَّمَآءِ وَالْاَرْضِ
لَآ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ فَاَنّٰى تُؤْفَكُوْنَ (٤)
وَاِنْ يُّكَذِّبُوْكَ فَقَدْ كُذِّبَتْ رُسُلٌ مِّنْ قَبْلِكَ وَ
اِلَى اللّٰهِ تُرْجَعُ الْاُمُوْرُ (٥)
يٰٓاَيُّهَا النَّاسُ اِنَّ وَعْدَ اللّٰهِ حَقٌّ فَلَا تَغُرَّنَّكُمُ
الْحَيٰوةُ الدُّنْيَا وَلَا يَغُرَّنَّكُمْ بِاللّٰهِ الْغَرُوْرُ (٦)
اِنَّ الشَّيْطٰنَ لَكُمْ عَدُوٌّ فَاتَّخِذُوْهُ عَدُوًّا اِنَّمَا يَدْعُوْا
حِزْبَهٗ لِيَكُوْنُوْا مِنْ اَصْحٰبِ السَّعِيْرِ (٧)
اَلَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَهُمْ عَذَابٌ شَدِيْدٌ وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا
وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَهُمْ مَّغْفِرَةٌ وَّاَجْرٌ كَبِيْرٌ (٨)

اَفَمَنْ زُيِّنَ لَهٗ سُوْٓءُ عَمَلِهٖ فَرَاٰهُ حَسَنًا ؕ فَاِنَّ اللّٰهَ
يُضِلُّ مَنْ يَّشَآءُ وَيَهْدِيْ مَنْ يَّشَآءُ ۖ فَلَا تَذْهَبْ
نَفْسُكَ عَلَيْهِمْ حَسَرٰتٍ ؕ اِنَّ اللّٰهَ عَلِيْمٌۢ بِمَا يَصْنَعُوْنَ ﴿٩﴾

9. Ĉu estas ĝuste gvidita tiu, al kiu ŝajnas bela la malboneco de lia agado? Vere Allah lasas erari, kiun Li volas, kaj gvidas, kiun Li volas. Ne laşu do vian animon ĉagreniĝi en sopiroj pro ili. Certe Allah scias, kion ili faras.

وَاللّٰهُ الَّذِيْٓ اَرْسَلَ الرِّيٰحَ فَتُثِيْرُ سَحَابًا فَسُقْنٰهُ اِلٰى
بَلَدٍ مَّيِّتٍ فَاَحْيَيْنَا بِهِ الْاَرْضَ بَعْدَ مَوْتِهَا ؕ كَذٰلِكَ
النُّشُوْرُ ﴿١٠﴾

10. Estas Allah Tiu, kiu sendas la ventojn, kiuj puŝas la nubojn. Poste Ni puŝas ilin super mortintan landon kaj revivigas per tio la teron post ĝia morto. Ĝuste tiel estos la reviviĝo.

مَنْ كَانَ يُرِيْدُ الْعِزَّةَ فَلِلّٰهِ الْعِزَّةُ جَمِيْعًا ؕ اِلَيْهِ
يَصْعَدُ الْكَلِمُ الطَّيِّبُ وَالْعَمَلُ الصَّالِحُ يَرْفَعُهٗ ؕ
وَالَّذِيْنَ يَمْكُرُوْنَ السَّيِّاٰتِ لَهُمْ عَذَابٌ شَدِيْدٌ ؕ
وَمَكْرُ اُولٰٓئِكَ هُوَ يَبُوْرُ ﴿١١﴾

11. Kiu deziras la famon, tiu sciu, ke ĉiu famo apartenas al Allah. Al Li supreniras la bonaj vortoj, kaj bona ago ilin suprenirigas. Por tiuj, kiuj projektas malbonajn agojn, estos severa puno, kaj ilia projektado estos vana.

وَاللّٰهُ خَلَقَكُمْ مِّنْ تُرَابٍ ثُمَّ مِنْ نُّطْفَةٍ ثُمَّ جَعَلَكُمْ
اَزْوَاجًا ؕ وَمَا تَحْمِلُ مِنْ اُنْثٰى وَلَا تَضَعُ اِلَّا بِعِلْمِهٖ ؕ
وَمَا يُعَمَّرُ مِنْ مُّعَمَّرٍ وَّلَا يُنْقَصُ مِنْ عُمُرِهٖٓ اِلَّا
فِيْ كِتٰبٍ ؕ اِنَّ ذٰلِكَ عَلَى اللّٰهِ يَسِيْرٌ ﴿١٢﴾

12. Allah kreis vin el polvo, poste el spermoguto, poste Li formis vin en parojn, kaj neniu virino gravediĝas aŭ naskas sen Lia scio. Al neniu estas donita longa vivo kaj al neniu estas donita mallonga vivo sen registrado en libro. Tio estas facila por Allah.

وَمَا يَسْتَوِي الْبَحْرٰنِ ۖ هٰذَا عَذْبٌ فُرَاتٌ سَآئِغٌ
شَرَابُهٗ وَهٰذَا مِلْحٌ اُجَاجٌ ؕ وَمِنْ كُلٍّ تَاْكُلُوْنَ
لَحْمًا طَرِيًّا وَّتَسْتَخْرِجُوْنَ حِلْيَةً تَلْبَسُوْنَهَا ۚ وَ
تَرَى الْفُلْكَ فِيْهِ مَوَاخِرَ لِتَبْتَغُوْا مِنْ فَضْلِهٖ وَ
لَعَلَّكُمْ تَشْكُرُوْنَ ﴿١٣﴾

13. Ne estas egalaj la du specoj de akvo: ĉi tiu estas bongusta, dolĉa kaj agrabla por trinki, kaj tiu estas sala, maldolĉa. El ambaŭ vi fiŝas freŝan karnon kaj vi eltiras la ornamaĵojn, kiujn vi portas, kaj vi vidas sur ĝi la ŝipojn sulki la ondojn, por ke vi strebu al Lia graco kaj por ke vi estu dankaj.

يُوْلِجُ الَّيْلَ فِي النَّهَارِ وَيُوْلِجُ النَّهَارَ فِي الَّيْلِ ۙ
وَسَخَّرَ الشَّمْسَ وَالْقَمَرَ ۖ كُلٌّ يَّجْرِيْ لِاَجَلٍ
مُّسَمًّى ؕ ذٰلِكُمُ اللّٰهُ رَبُّكُمْ لَهُ الْمُلْكُ ؕ وَالَّذِيْنَ تَدْعُوْنَ

14. Li enirigas la nokton en la tagon kaj Li enirigas la tagon en la nokton, kaj Li servigis la sunon kaj la lunon; ĉiu el ili ambaŭ sekvas sian vojon ĝis fiksita templimo. Tiu estas Allah, via Sinjoro. Al Li apartenas la suvereneco kaj tiuj, kiujn vi alvokas anstataŭ Lin, ne havas povon eĉ super la haŭteto de daktilkerno.

15. Se vi vokas ilin, ili ne aŭdas vin, kaj, eĉ se ili aŭdus, ili ne povus respondi al vi. En

la tago de la reviviĝo ili negos, ke vi prenis ilin kiel Diojn. Neniu alia povas instrui vin ol la Ĉioscia.

16. Ho vi, homoj! Estas vi tiuj, kiuj estas dependaj de Allah, sed Allah estas la Memsufiĉa, la Laŭdegenda.

17. Se Li volus, Li povus forpreni vin kaj estigi novan kreon,

18. kaj tio ne estas malfacila por Allah.

19. Neniu animo ŝarĝita povas porti la ŝarĝon de alia, kaj, se iu animo ŝarĝita petas malpezigon de sia ŝarĝo, oni nenion povos preni el ĝi, eĉ se estus parenco. Vi nur devas admoni tiujn, kiuj timas sian Sinjoron sekrete kaj levas la preĝon. Kiu sin purigas, tiu vere sin purigas por sia propra utilo. Al Allah estos la reveno.

20. La blindulo ne estas egala al la vidanto,

21. nek la mallumego al la lumo,

22. nek la freŝa ombro al la varmego de la suno,

23. nek estas egalaj la vivantoj kaj la mortintoj. Vere Allah aŭdigas, kiun Li volas, kaj vi ne povas aŭdigi tiujn, kiuj estas en la tomboj;

24. vi estas nur admonanto.

25. Vere Ni sendis vin kun la vero kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton. Ne ekzistas iu ajn popolo, ĉe kiu ankoraŭ ne aperis admonanto.

26. Se ili kulpigas vin pri mensogo, vere ankaŭ same kulpigis siajn profetojn tiuj, kiuj estis antaŭ ili. Iliaj senditoj venis al ili kun evidentaj signoj kaj kun instruo kaj kun lumiga Libro.

مِنْ دُوْنِهٖ مَا يَمْلِكُوْنَ مِنْ قِطْمِيْرٍ (١٤)
اِنْ تَدْعُوْهُمْ لَا يَسْمَعُوْا دُعَآءَكُمْ ۚ وَ لَوْ سَمِعُوْا مَا
اسْتَجَابُوْا لَكُمْ ؕ وَ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ يَكْفُرُوْنَ بِشِرْكِكُمْ ؕ
ع وَ لَا يُنَبِّئُكَ مِثْلُ خَبِيْرٍ (١٥)
يٰۤاَيُّهَا النَّاسُ اَنْتُمُ الْفُقَرَآءُ اِلَى اللّٰهِ ۚ وَ اللّٰهُ هُوَ
الْغَنِيُّ الْحَمِيْدُ (١٦)
اِنْ يَّشَاْ يُذْهِبْكُمْ وَ يَاْتِ بِخَلْقٍ جَدِيْدٍ (١٧)
وَ مَا ذٰلِكَ عَلَى اللّٰهِ بِعَزِيْزٍ (١٨)
وَ لَا تَزِرُ وَازِرَةٌ وِّزْرَ اُخْرٰى ؕ وَ اِنْ تَدْعُ مُثْقَلَةٌ
اِلٰى حِمْلِهَا لَا يُحْمَلْ مِنْهُ شَيْءٌ وَّ لَوْ كَانَ ذَا قُرْبٰى ؕ
اِنَّمَا تُنْذِرُ الَّذِيْنَ يَخْشَوْنَ رَبَّهُمْ بِالْغَيْبِ وَ
اَقَامُوا الصَّلٰوةَ ؕ وَ مَنْ تَزَكّٰى فَاِنَّمَا يَتَزَكّٰى لِنَفْسِهٖ ؕ
وَ اِلَى اللّٰهِ الْمَصِيْرُ (١٩)
وَ مَا يَسْتَوِي الْاَعْمٰى وَ الْبَصِيْرُ (٢٠)
وَ لَا الظُّلُمٰتُ وَ لَا النُّوْرُ (٢١)
وَ لَا الظِّلُّ وَ لَا الْحَرُوْرُ (٢٢)
وَ مَا يَسْتَوِي الْاَحْيَآءُ وَ لَا الْاَمْوَاتُ ؕ اِنَّ اللّٰهَ يُسْمِعُ
مَنْ يَّشَآءُ ۚ وَ مَاۤ اَنْتَ بِمُسْمِعٍ مَّنْ فِي الْقُبُوْرِ (٢٣)
اِنْ اَنْتَ اِلَّا نَذِيْرٌ (٢٤)
اِنَّاۤ اَرْسَلْنٰكَ بِالْحَقِّ بَشِيْرًا وَّ نَذِيْرًا ؕ وَ اِنْ مِّنْ اُمَّةٍ
اِلَّا خَلَا فِيْهَا نَذِيْرٌ (٢٥)
وَ اِنْ يُّكَذِّبُوْكَ فَقَدْ كَذَّبَ الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ ۚ

27. Poste Mi kaptis la miskredantojn; kia estis la sekvo de ilia kulpigo!

جَاءَتْهُمْ رُسُلُهُمْ بِالْبَيِّنٰتِ وَبِالزُّبُرِ وَبِالْكِتٰبِ
الْمُنِيْرِ ﴿٢٦﴾
ثُمَّ اَخَذْتُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا فَكَيْفَ كَانَ نَكِيْرِ ﴿٢٧﴾ ع ٣ ١٥

28. Ĉu vi ne vidis, ke Allah sendis akvon el la nuboj? Poste Ni estigas per ĝi fruktojn multkolorajn. En la montoj estas tavoloj, blankaj kaj ruĝaj, diverskoloraj kaj nigraj kiel korvo.

اَلَمْ تَرَ اَنَّ اللّٰهَ اَنْزَلَ مِنَ السَّمَآءِ مَآءً فَاَخْرَجْنَا بِهٖ
ثَمَرٰتٍ مُّخْتَلِفًا اَلْوَانُهَا وَمِنَ الْجِبَالِ جُدَدٌ بِيْضٌ
وَّحُمْرٌ مُّخْتَلِفٌ اَلْوَانُهَا وَغَرَابِيْبُ سُوْدٌ ﴿٢٨﴾

29. Ĉu ankaŭ ĉe homoj kaj bestoj estas diversaj koloroj? Tiel estas. Vere respektegas Allahon, el Liaj servantoj, nur la sciantaj. Vere Allah estas ĉiopova, senkulpigema.

وَمِنَ النَّاسِ وَالدَّوَآبِّ وَالْاَنْعَامِ مُخْتَلِفٌ اَلْوَانُهٗ
كَذٰلِكَ اِنَّمَا يَخْشَى اللّٰهَ مِنْ عِبَادِهِ الْعُلَمٰٓؤُا اِنَّ
اللّٰهَ عَزِيْزٌ غَفُوْرٌ ﴿٢٩﴾

30. Vere tiuj, kiuj recitas la Libron de Allah kaj levas la preĝon kaj almozdonas sekrete kaj malkaŝe, el tio, kion Ni donis al ili, esperas je negoco, kiu neniam malsukcesos.

اِنَّ الَّذِيْنَ يَتْلُوْنَ كِتٰبَ اللّٰهِ وَاَقَامُوا الصَّلٰوةَ وَ
اَنْفَقُوْا مِمَّا رَزَقْنٰهُمْ سِرًّا وَّعَلَانِيَةً يَّرْجُوْنَ تِجَارَةً
لَّنْ تَبُوْرَ ﴿٣٠﴾

31. Li tial donos al ili plenan rekompencon kaj pliigos por ili la donacojn de Sia graco. Li vere estas senkulpigema, ŝatema.

لِيُوَفِّيَهُمْ اُجُوْرَهُمْ وَيَزِيْدَهُمْ مِّنْ فَضْلِهٖ اِنَّهٗ
غَفُوْرٌ شَكُوْرٌ ﴿٣١﴾

32. Tio, kion Ni revelaciis al vi el la Libro, estas la vero mem, plenumiĝo de tio, kio estis antaŭe. Vere Allah bone konas kaj vidas Siajn servantojn.

وَالَّذِيْ اَوْحَيْنَا اِلَيْكَ مِنَ الْكِتٰبِ هُوَ الْحَقُّ مُصَدِّقًا
لِّمَا بَيْنَ يَدَيْهِ اِنَّ اللّٰهَ بِعِبَادِهٖ لَخَبِيْرٌ بَصِيْرٌ ﴿٣٢﴾

33. Poste Ni donis la Libron al tiuj el Niaj servantoj, kiujn Ni elektis, sed inter ili estas iuj, kiuj estas malpiegaj kontraŭ si mem, kaj inter ili estas iuj, kiuj iras mezan vojon, kaj inter ili estas iuj, kiuj superas la aliajn pri la bonaj agoj laŭ la permeso de Allah. Jen estas la granda graco:

ثُمَّ اَوْرَثْنَا الْكِتٰبَ الَّذِيْنَ اصْطَفَيْنَا مِنْ عِبَادِنَا
فَمِنْهُمْ ظَالِمٌ لِّنَفْسِهٖ وَمِنْهُمْ مُّقْتَصِدٌ وَمِنْهُمْ
سَابِقٌ بِالْخَيْرٰتِ بِاِذْنِ اللّٰهِ ذٰلِكَ هُوَ الْفَضْلُ
الْكَبِيْرُ ﴿٣٣﴾

34. Ĝardenoj de la eterneco! Ili eniros en ilin kaj tie ili estos ornamitaj per braceletoj el oro kaj perloj kaj tie ilia vestaĵo estos el silko.

35. Kaj ili diros: "Estu laŭdegata Allah, kiu forprenis de ni la ĉagrenon". Nia Sinjoro vere estas senkulpigema, ŝatema,

جَنّٰتُ عَدْنٍ يَّدْخُلُوْنَهَا يُحَلَّوْنَ فِيْهَا مِنْ اَسَاوِرَ
مِنْ ذَهَبٍ وَّلُؤْلُؤًا وَلِبَاسُهُمْ فِيْهَا حَرِيْرٌ ﴿٣٤﴾

36. kiu, per Sia graco, faris nin loĝantoj de la firmeco. En ĝi ne trafas nin penado, kaj ne trafas nin en ĝi laceco.

وَقَالُوا الْحَمْدُ لِلّٰهِ الَّذِيٓ اَذْهَبَ عَنَّا الْحَزَنَ ۭ اِنَّ
رَبَّنَا لَغَفُوْرٌ شَكُوْرُ ۙ ﴿٣٥﴾

37. Por tiuj tamen, kiuj miskredas, estos la fajro de l' Infero. Ne estos dekretita por ili la morto, por ke ili povu morti, kaj ne estos malpliigita io ajn el ilia puno. Tiel Ni rekompencas ĉiun sendankulon.

الَّذِيٓ اَحَلَّنَا دَارَ الْمُقَامَةِ مِنْ فَضْلِهٖ ۚ لَا يَمَسُّنَا
فِيْهَا نَصَبٌ وَّلَا يَمَسُّنَا فِيْهَا لُغُوْبٌ ﴿٣٦﴾
وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَهُمْ نَارُ جَهَنَّمَ ۚ لَا يُقْضٰى عَلَيْهِمْ
فَيَمُوْتُوْا وَلَا يُخَفَّفُ عَنْهُمْ مِّنْ عَذَابِهَا ۭ كَذٰلِكَ
نَجْزِيْ كُلَّ كَفُوْرٍ ﴿٣٧﴾

38. Tie ili krios: "Nia Sinjoro! Elirigu nin! Ni bonfaros, alie ol ni kutimis fari". "Ĉu Ni ne donis al vi sufiĉe longan vivon, por ke povu pripensi en ĝi ĉiu, kiu volis pripensi? Krome venis al vi la admonanto. Gustumu do la punon, ĉar por la malpieguloj ne estas helpanto".

وَهُمْ يَصْطَرِخُوْنَ فِيْهَا ۚ رَبَّنَآ اَخْرِجْنَا نَعْمَلْ صَالِحًا
غَيْرَ الَّذِيْ كُنَّا نَعْمَلُ ۭ اَوَلَمْ نُعَمِّرْكُمْ مَّا يَتَذَكَّرُ
فِيْهِ مَنْ تَذَكَّرَ وَجَاۗءَكُمُ النَّذِيْرُ ۭ فَذُوْقُوْا فَمَا
لِلظّٰلِمِيْنَ مِنْ نَّصِيْرٍ ﴿٣٨﴾ ع

39. Certe Allah konas la sekretojn de la ĉieloj kaj de la tero. Vere Li konas la internon de la brustoj.

اِنَّ اللّٰهَ عٰلِمُ غَيْبِ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۭ اِنَّهٗ عَلِيْمٌۢ
بِذَاتِ الصُّدُوْرِ ﴿٣٩﴾

40. Estas Li Tiu, kiu faris vin anstataŭantoj sur la tero. Kiu tamen nekredas, sur lin falu lia nekredo! Por la nekredantoj ilia nekredo nur pliigos la malamon antaŭ ilia Sinjoro, kaj por la nekredantoj ilia nekredo nur pliigos ilian malgajnon.

هُوَ الَّذِيْ جَعَلَكُمْ خَلٰۗىِٕفَ فِي الْاَرْضِ ۭ فَمَنْ كَفَرَ
فَعَلَيْهِ كُفْرُهٗ ۭ وَلَا يَزِيْدُ الْكٰفِرِيْنَ كُفْرُهُمْ عِنْدَ
رَبِّهِمْ اِلَّا مَقْتًا ۚ وَلَا يَزِيْدُ الْكٰفِرِيْنَ كُفْرُهُمْ اِلَّا
خَسَارًا ﴿٤٠﴾

41. Diru: "Ĉu vi vidis viajn Diojn, kiujn vi vokas anstataŭ Allahon? Montru al mi, kion ili kreis el la tero! Ĉu ili partoprenis en la kreo de la ĉieloj? ". Ĉu Ni donis al ili Libron, por ke ili havu klaran pruvon el ĝi? Ne! La malpieguloj promesas unu al la alia nur trompon.

قُلْ اَرَءَيْتُمْ شُرَكَاۗءَكُمُ الَّذِيْنَ تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ
اللّٰهِ ۭ اَرُوْنِيْ مَاذَا خَلَقُوْا مِنَ الْاَرْضِ اَمْ لَهُمْ شِرْكٌ
فِي السَّمٰوٰتِ ۚ اَمْ اٰتَيْنٰهُمْ كِتٰبًا فَهُمْ عَلٰي بَيِّنَتٍ مِّنْهُ ۚ
بَلْ اِنْ يَّعِدُ الظّٰلِمُوْنَ بَعْضُهُمْ بَعْضًا اِلَّا غُرُوْرًا ﴿٤١﴾

42. Vere Allah subtenas la ĉielojn kaj la teron, por ke ili ne ŝanceliĝu, kaj se ili vere ŝanceliĝus, tiam ne estus iu ajn post Li, kiu povus subteni ilin. Li estas grandanima, senkulpigema.

اِنَّ اللّٰهَ يُمْسِكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ اَنْ تَزُوْلَا ڬ وَ

43. Ili ĵuris per Allah siajn plej solenajn ĵurojn, ke, se admonanto venus al ili, ili sekvus la gvidadon pli bone ol iu ajn alia nacio. Kiam tamen venis al ili admonanto, tio nur pliigis ilian malŝatemon.

44. Ili estis fieregaj en la lando; kaj pri la malbonaj projektoj, sciu, ke la malbonaj projektoj nur trafas siajn farintojn. Ĉu ili do atendas ion alian ol la okazaĵojn, kiuj trafis la antaŭulojn? Vi tamen ne trovos en la farado de Allah iun ajn ŝanĝon, kaj vi ne trovos en la farado de Allah iun ajn variadon.

45. Ĉu ili ne vojaĝis sur la tero, kaj ja vidis, kiel estis la fino de tiuj, kiuj estis antaŭ ili? Kaj tiuj estis pli fortaj ol ili. Kaj Allah estas tia, ke nenio povas malhelpi Lin en la ĉieloj kaj sur la tero. Li vere estas ĉioscia, ĉiopova.

46. Se Allah volus trafi la homojn pro tio, kion ili meritis, tiam Li ne lasus sur ĝia supraĵo eĉ unu kreitaĵon, sed Li donas al ili prokraston ĝis fiksita limtempo. Kiam poste ilia tempo alvenos, ili ekscios, ke Allah bone vidas Siajn servantojn.

لَئِنْ زَالَتَآ اِنْ اَمْسَكَهُمَا مِنْ اَحَدٍ مِّنْ بَعْدِهٖ ؕ اِنَّهٗ
كَانَ حَلِيْمًا غَفُوْرًا ﴿٤٢﴾
وَاَقْسَمُوْا بِاللّٰهِ جَهْدَ اَيْمَانِهِمْ لَئِنْ جَآءَهُمْ نَذِيْرٌ
لَّيَكُوْنُنَّ اَهْدٰى مِنْ اِحْدَى الْاُمَمِ ۚ فَلَمَّا جَآءَهُمْ
نَذِيْرٌ مَّا زَادَهُمْ اِلَّا نُفُوْرَا ۙ ﴿٤٣﴾
اِسْتِكْبَارًا فِي الْاَرْضِ وَمَكْرَ السَّيِّئِ ؕ وَلَا يَحِيْقُ
الْمَكْرُ السَّيِّئُ اِلَّا بِاَهْلِهٖ ؕ فَهَلْ يَنْظُرُوْنَ اِلَّا سُنَّتَ
الْاَوَّلِيْنَ ۚ فَلَنْ تَجِدَ لِسُنَّتِ اللّٰهِ تَبْدِيْلًا ۚ وَلَنْ تَجِدَ
لِسُنَّتِ اللّٰهِ تَحْوِيْلًا ﴿٤٤﴾
اَوَلَمْ يَسِيْرُوْا فِي الْاَرْضِ فَيَنْظُرُوْا كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ
الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ وَكَانُوْٓا اَشَدَّ مِنْهُمْ قُوَّةً ؕ وَمَا
كَانَ اللّٰهُ لِيُعْجِزَهٗ مِنْ شَيْءٍ فِي السَّمٰوٰتِ وَلَا فِي
الْاَرْضِ ؕ اِنَّهٗ كَانَ عَلِيْمًا قَدِيْرًا ﴿٤٥﴾
وَلَوْ يُؤَاخِذُ اللّٰهُ النَّاسَ بِمَا كَسَبُوْا مَا تَرَكَ عَلٰى
ظَهْرِهَا مِنْ دَآبَّةٍ وَّلٰكِنْ يُّؤَخِّرُهُمْ اِلٰٓى اَجَلٍ
مُّسَمًّى ۚ فَاِذَا جَآءَ اَجَلُهُمْ فَاِنَّ اللّٰهَ كَانَ بِعِبَادِهٖ
بَصِيْرًا ﴿٤٦﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Jā-Sīn!

3. Per la Korano, plena de saĝeco!

4. Vere vi estas unu el la senditoj,

5. vi estas sur la rekta vojo.

6. Ĉi tiu estas revelacio de la Ĉiopova, Pardonema,

7. por ke vi admonu popolon, kies patroj ne estis admonitaj, kiu tial ignoras.

8. Vere la juĝo pruviĝis vera kontraŭ la plej multaj el ili, ĉar ili ne kredas.

9. Vere Ni metis ĉirkaŭ iliaj koloj jugojn, kiuj atingas iliajn mentonojn, tiel ke ili devas levi siajn kapojn,

10. kaj Ni metis baron antaŭ ili kaj baron malantaŭ ili, kaj Ni kovris ilin per mallumego, tiel ke ili ne povas vidi.

11. Por ili estas egale, ĉu vi admonas ilin, aŭ vi ne admonas ilin. Ili ne volas kredi.

12. Vi vere nur povas admoni sukcese tiun, kiu sekvas la admonanton kaj timas la Doneman sekrete. Tial portu al li la bonan novaĵon de la pardono kaj de la nobla rekompenco.

13. Vere nur Ni donas la vivon al la mortintoj kaj Ni skribas, kion ili faris en sia vivo,

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾
يٰسٓ ﴿٢﴾
وَالْقُرْاٰنِ الْحَكِيْمِ ﴿٣﴾
اِنَّكَ لَمِنَ الْمُرْسَلِيْنَ ﴿٤﴾
عَلٰى صِرَاطٍ مُّسْتَقِيْمٍ ﴿٥﴾
تَنْزِيْلَ الْعَزِيْزِ الرَّحِيْمِ ﴿٦﴾
لِتُنْذِرَ قَوْمًا مَّآ اُنْذِرَ اٰبَآؤُهُمْ فَهُمْ غٰفِلُوْنَ ﴿٧﴾
لَقَدْ حَقَّ الْقَوْلُ عَلٰٓى اَكْثَرِهِمْ فَهُمْ لَا يُؤْمِنُوْنَ ﴿٨﴾
اِنَّا جَعَلْنَا فِيْٓ اَعْنَاقِهِمْ اَغْلٰلًا فَهِيَ اِلَى الْاَذْقَانِ
فَهُمْ مُّقْمَحُوْنَ ﴿٩﴾
وَجَعَلْنَا مِنْۢ بَيْنِ اَيْدِيْهِمْ سَدًّا وَّمِنْ خَلْفِهِمْ
سَدًّا فَاَغْشَيْنٰهُمْ فَهُمْ لَا يُبْصِرُوْنَ ﴿١٠﴾
وَسَوَآءٌ عَلَيْهِمْ ءَاَنْذَرْتَهُمْ اَمْ لَمْ تُنْذِرْهُمْ لَا
يُؤْمِنُوْنَ ﴿١١﴾
اِنَّمَا تُنْذِرُ مَنِ اتَّبَعَ الذِّكْرَ وَخَشِيَ الرَّحْمٰنَ بِالْغَيْبِ
فَبَشِّرْهُ بِمَغْفِرَةٍ وَّاَجْرٍ كَرِيْمٍ ﴿١٢﴾
اِنَّا نَحْنُ نُحْيِ الْمَوْتٰى وَنَكْتُبُ مَا قَدَّمُوْا وَاٰثَارَهُمْ
ع وَكُلَّ شَيْءٍ اَحْصَيْنٰهُ فِيْٓ اِمَامٍ مُّبِيْنٍ ﴿١٣﴾
وَاضْرِبْ لَهُمْ مَّثَلًا اَصْحٰبَ الْقَرْيَةِ ۘ اِذْ جَآءَهَا

* Ho perfekta gvidanto!

kaj kion ili postlasis. Ĉiujn aĵojn Ni enskribis en klaran arketipon.

14. Proponu al ili la similaĵon pri la popolo de iu urbo, kiam venis al ili la senditoj.

15. Kiam Ni sendis al ili du senditojn, ili kulpigis tiujn ambaŭ pri mensogo, tial Ni plifortigis tiujn per tria, kaj tiuj diris: "Vere ni estas senditaj al vi".

16. Ili respondis: "Vi estas nur homoj kiel ni, kaj la Donema nenion sendis. Vi estas nur mensogulој".

17. Tiuj diris: "Nia Sinjoro scias, ke ni vere estas senditaj al vi,

18. kaj nia devo estas nur la klara transdonado de la senditaĵo".

19. Ili respondis: "Ni vere malbondeziras al vi. Se vi ne forlasos, ni certe ŝtonmortigos vin kaj vin certe trafos dolora puno".

20. Tiuj diris: "Viaj malbondeziroj estas kontraŭ vi mem. Cu vi diras tion, ĉar vi estas admonitaj? Ne! Vi estas popolo transpaŝanta! ".

21. De la plej malproksima parto de la urbo venis viro kurante kaj diris: "Ho mia popolo, sekvu la senditojn!

22. Sekvu tiujn, kiuj ne petas de vi iun ajn rekompencon, kaj estas ĝuste gvidataj.

* Fino de la 22-a parto

23. Kial vi supozas, ke mi ne adoras Tiun, kiu kreis min, kaj al kiu vi revenos?

24. Ĉu mi prenu aliajn anstataŭ Lin kiel Diojn? Se la Donema volus malutili al mi, neniom utilus al mi la propetoj, kaj ili ne povus elaĉeti min.

الْمُرْسَلُونَ ﴿١٤﴾
إِذْ أَرْسَلْنَا إِلَيْهِمُ اثْنَيْنِ فَكَذَّبُوهُمَا فَعَزَّزْنَا بِثَالِثٍ
فَقَالُوا إِنَّا إِلَيْكُمْ مُرْسَلُونَ ﴿١٥﴾
قَالُوا مَا أَنْتُمْ إِلَّا بَشَرٌ مِثْلُنَا وَمَا أَنْزَلَ الرَّحْمَٰنُ
مِنْ شَيْءٍ إِنْ أَنْتُمْ إِلَّا تَكْذِبُونَ ﴿١٦﴾
قَالُوا رَبُّنَا يَعْلَمُ إِنَّا إِلَيْكُمْ لَمُرْسَلُونَ ﴿١٧﴾
وَمَا عَلَيْنَا إِلَّا الْبَلَاغُ الْمُبِينُ ﴿١٨﴾
قَالُوا إِنَّا تَطَيَّرْنَا بِكُمْ لَئِنْ لَمْ تَنْتَهُوا لَنَرْجُمَنَّكُمْ
وَلَيَمَسَّنَّكُمْ مِنَّا عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٩﴾
قَالُوا طَائِرُكُمْ مَعَكُمْ أَئِنْ ذُكِّرْتُمْ بَلْ أَنْتُمْ قَوْمٌ
مُسْرِفُونَ ﴿٢٠﴾
وَجَاءَ مِنْ أَقْصَى الْمَدِينَةِ رَجُلٌ يَسْعَىٰ قَالَ يَا قَوْمِ
اتَّبِعُوا الْمُرْسَلِينَ ﴿٢١﴾
اتَّبِعُوا مَنْ لَا يَسْأَلُكُمْ أَجْرًا وَهُمْ مُهْتَدُونَ ﴿٢٢﴾
وَمَا لِيَ لَا أَعْبُدُ الَّذِي فَطَرَنِي وَإِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿٢٣﴾
أَأَتَّخِذُ مِنْ دُونِهِ آلِهَةً إِنْ يُرِدْنِ الرَّحْمَٰنُ بِضُرٍّ
لَا تُغْنِ عَنِّي شَفَاعَتُهُمْ شَيْئًا وَلَا يُنْقِذُونِ ﴿٢٤﴾
إِنِّي إِذًا لَفِي ضَلَالٍ مُبِينٍ ﴿٢٥﴾
إِنِّي آمَنْتُ بِرَبِّكُمْ فَاسْمَعُونِ ﴿٢٦﴾
قِيلَ ادْخُلِ الْجَنَّةَ قَالَ يَا لَيْتَ قَوْمِي يَعْلَمُونَ ﴿٢٧﴾
بِمَا غَفَرَ لِي رَبِّي وَجَعَلَنِي مِنَ الْمُكْرَمِينَ ﴿٢٨﴾
وَمَا أَنْزَلْنَا عَلَىٰ قَوْمِهِ مِنْ بَعْدِهِ مِنْ جُنْدٍ مِنَ

25. Vere tiuokaze mi troviĝus en evidenta eraro.

26. Mi vere kredas je via Sinjoro; do vi aŭskultu! ".

27. Estis dirite: "Eniru en la Paradizon". Li diris: "Ho, se mia popolo scius,

28. kiel mia Sinjoro donis al mi pardonon kaj faris min honorinda! ".

29. Ni ne sendis post li al lia popolo iun ajn malamikon el la ĉielo nek ion ajn alian, kiel Ni kutimis, kiel punon.

30. Estiĝis nur unu kriego kaj jen ili estis neniigitaj.

31. Ve al Miaj servantoj! Ĉiam, kiam venis al ili iu sendito, ili mokis lin.

32. Ĉu ili ne vidis, kiom multajn generaciojn Ni neniigis antaŭ ili, kaj ke ili ne revenas al ili?

33. Ili ĉiuj, kunvenigitaj, estos kondukitaj antaŭ Nin!

34. Kaj signo por ili estos la tero mortinta. Ni vivigas ĝin kaj elirigas el ĝi grenon, el kiu ili manĝas.

35. Sur ĝi Ni estigis ĝardenojn kun daktilpalmoj kaj vinberarboj, kaj Ni elŝprucigas el ĝi fontojn,

36. por ke ili manĝu el ĝiaj fruktoj: iliaj manoj ne kreis tion.Ĉu ili do ne volas esti dankaj?

37. Sankta estas Li, kiu kreis ĉiujn specojn en paroj el tiuj, kiuj burĝonas el la tero kaj el ili mem, kaj el tio, kion ili ne konas.

38. Signo estas por ili la nokto. De ĝi Ni forprenas la lumon kaj jen, ili estas en mallumego.

السَّمَاءِ وَمَا كُنَّا مُنزِلِينَ ﴿٢٩﴾

إِن كَانَتْ إِلَّا صَيْحَةً وَاحِدَةً فَإِذَا هُمْ خَامِدُونَ ﴿٣٠﴾

يٰحَسْرَةً عَلَى الْعِبَادِ مَا يَأْتِيهِم مِّن رَّسُولٍ إِلَّا

كَانُوا بِهِ يَسْتَهْزِئُونَ ﴿٣١﴾

أَلَمْ يَرَوْا كَمْ أَهْلَكْنَا قَبْلَهُم مِّنَ الْقُرُونِ أَنَّهُمْ

إِلَيْهِمْ لَا يَرْجِعُونَ ﴿٣٢﴾

وَإِن كُلٌّ لَّمَّا جَمِيعٌ لَّدَيْنَا مُحْضَرُونَ ﴿٣٣﴾

وَآيَةٌ لَّهُمُ الْأَرْضُ الْمَيْتَةُ أَحْيَيْنَاهَا وَأَخْرَجْنَا

مِنْهَا حَبًّا فَمِنْهُ يَأْكُلُونَ ﴿٣٤﴾

وَجَعَلْنَا فِيهَا جَنَّاتٍ مِّن نَّخِيلٍ وَأَعْنَابٍ وَفَجَّرْنَا

فِيهَا مِنَ الْعُيُونِ ﴿٣٥﴾

لِيَأْكُلُوا مِن ثَمَرِهِ وَمَا عَمِلَتْهُ أَيْدِيهِمْ أَفَلَا

يَشْكُرُونَ ﴿٣٦﴾

سُبْحَانَ الَّذِي خَلَقَ الْأَزْوَاجَ كُلَّهَا مِمَّا تُنبِتُ

الْأَرْضُ وَمِنْ أَنفُسِهِمْ وَمِمَّا لَا يَعْلَمُونَ ﴿٣٧﴾

وَآيَةٌ لَّهُمُ اللَّيْلُ نَسْلَخُ مِنْهُ النَّهَارَ فَإِذَا هُم

مُّظْلِمُونَ ﴿٣٨﴾

وَالشَّمْسُ تَجْرِي لِمُسْتَقَرٍّ لَّهَا ذَٰلِكَ تَقْدِيرُ

الْعَزِيزِ الْعَلِيمِ ﴿٣٩﴾

وَالْقَمَرَ قَدَّرْنَاهُ مَنَازِلَ حَتَّىٰ عَادَ كَالْعُرْجُونِ

الْقَدِيمِ ﴿٤٠﴾

لَا الشَّمْسُ يَنبَغِي لَهَا أَن تُدْرِكَ الْقَمَرَ وَلَا

39. La suno iras al ŝia difinita celo. Tio estas la ordigo de la Ĉiopova, de la Saĝa.

40. Kaj rilate al la luno Ni ordigis fazojn, ĝis ĝi revenas kiel sekiĝinta palmobranĉo.

41. Ne konvenas al la suno atingi la lunon, nek al la nokto antaŭiri al la tago. Ĉiu el ili ambaŭ ŝvebas en sia orbito.

42. Estas signo por ili, ke Ni subtenas ilian idaron en la ŝipo ŝarĝita,

43. kaj Ni kreos por ili similajn ŝipojn, sur kiuj ili vojaĝos.

44. Se Ni volus, Ni povus dronigi ilin kaj neniu helpus ilin kaj ili ne povus esti savitaj,

45. krom per Nia kompato, kaj por ĝuado de la vivo dum iom da tempo.

46. Kiam estas dirite al ili: "Atentu al tio, kio estas antaŭ kaj malantaŭ vi, por ke vi meritu kompaton", ili turnas sin for,

47. kaj ĉiam, kiam venas al ili iu ajn signo el la signoj de ilia Sinjoro, ili turnas sin for,

48. kaj kiam estas dirite al ili: "Almozdonu el tio, kion donis al vi Allah" diras la nekredantoj al la kredantoj: "Ĉu ni nutru iun, kiun Allah povus nutri? Vi vere nur troviĝas en evidenta eraro! "

49. kaj ili diras: "Kiam plenumiĝos ĉi tiu promeso, se vi estas sinceraj? "

50. kaj ili nur atendas krion, kiu surprizos ilin ankoraŭ disputantajn,

51. kaj ili ne kapablos konsili unu la alian kaj ili ne revenos al siaj familianoj.

52. Estos blovite en la trumpeton kaj jen, el la tomboj ili kuros antaŭen al sia Sinjoro.

الَّيْلُ سَابِقُ النَّهَارِ ۚ وَكُلٌّ فِي فَلَكٍ يَسْبَحُونَ ﴿٤٠﴾
وَآيَةٌ لَّهُمْ أَنَّا حَمَلْنَا ذُرِّيَّتَهُمْ فِي الْفُلْكِ الْمَشْحُونِ ﴿٤١﴾
وَخَلَقْنَا لَهُم مِّن مِّثْلِهِ مَا يَرْكَبُونَ ﴿٤٢﴾
وَإِن نَّشَأْ نُغْرِقْهُمْ فَلَا صَرِيخَ لَهُمْ وَلَا هُمْ
يُنقَذُونَ ﴿٤٣﴾
إِلَّا رَحْمَةً مِّنَّا وَمَتَاعًا إِلَىٰ حِينٍ ﴿٤٤﴾
وَإِذَا قِيلَ لَهُمُ اتَّقُوا مَا بَيْنَ أَيْدِيكُمْ وَمَا خَلْفَكُمْ
لَعَلَّكُمْ تُرْحَمُونَ ﴿٤٥﴾
وَمَا تَأْتِيهِم مِّنْ آيَةٍ مِّنْ آيَاتِ رَبِّهِمْ إِلَّا كَانُوا
عَنْهَا مُعْرِضِينَ ﴿٤٦﴾
وَإِذَا قِيلَ لَهُمْ أَنفِقُوا مِمَّا رَزَقَكُمُ اللَّهُ قَالَ
الَّذِينَ كَفَرُوا لِلَّذِينَ آمَنُوا أَنُطْعِمُ مَن لَّوْ يَشَاءُ
اللَّهُ أَطْعَمَهُ إِنْ أَنتُمْ إِلَّا فِي ضَلَالٍ مُّبِينٍ ﴿٤٧﴾
وَيَقُولُونَ مَتَىٰ هَٰذَا الْوَعْدُ إِن كُنتُمْ صَادِقِينَ ﴿٤٨﴾
مَا يَنظُرُونَ إِلَّا صَيْحَةً وَاحِدَةً تَأْخُذُهُمْ وَهُمْ
يَخِصِّمُونَ ﴿٤٩﴾
فَلَا يَسْتَطِيعُونَ تَوْصِيَةً وَلَا إِلَىٰ أَهْلِهِمْ يَرْجِعُونَ ﴿٥٠﴾
وَنُفِخَ فِي الصُّورِ فَإِذَا هُم مِّنَ الْأَجْدَاثِ إِلَىٰ رَبِّهِمْ
يَنسِلُونَ ﴿٥١﴾
قَالُوا يَا وَيْلَنَا مَن بَعَثَنَا مِن مَّرْقَدِنَا ۜ هَٰذَا مَا
وَعَدَ الرَّحْمَٰنُ وَصَدَقَ الْمُرْسَلُونَ ﴿٥٢﴾
إِن كَانَتْ إِلَّا صَيْحَةً وَاحِدَةً فَإِذَا هُمْ جَمِيعٌ لَّدَيْنَا

53. Ili diros: ”Ho ve al ni! Kiu vekis nin el nia ripozejo? Tio ĉi estas, kion promesis la Donema, kaj la senditoj tiam do diris la veron”.

54. Estos nur unu krio kaj jen, ili ĉiuj estos kunvenigitaj al Ni.

55. En tiu tago ne estos maljusteco por iu ajn animo kaj vi estos rekompencitaj nur pro tio, kion vi faris.

56. Vere en tiu tago la loĝantoj de l' Paradizo trovos ĝojon en agado.

57. Ili kaj iliaj edzinoj estos en agrabla ombro, kuŝantaj sur altaj litoj.

58. Tie ili havos fruktojn kaj ĉion, kion ili deziregis.

59. ”Pacon! ” estos la anonco de ilia Sinjoro pardonema,

60. kaj: ”Disiĝu hodiaŭ de la kulpuloj.

61. Ĉu Mi ne ordonis al vi, ho idoj de Adam, ke vi ne adoru Satanon – li vere estas via evidenta malamiko –

62. sed ke vi adoru Min? Tiu ĉi estas la rekta vojo,

63. li tamen devojigis multajn el vi. Ĉu vi do ne volas kompreni?

64. Tiu ĉi estas la Infero, kiu estis promesita al vi.

65. Eniru do hodiaŭ en ĝin, ĉar vi ne kredis! ”.

66. En tiu tago Ni sigelos iliajn buŝojn, sed parolos al Ni iliaj manoj, kaj iliaj piedoj atestos pri iliaj meritoj.

67. Se Ni volus, Ni povus estingi iliajn okulojn; tiam ili rapidus al la vojo. Kiel ili tamen ĝin vidus?

مُحْضَرُونَ ٥٣
فَالْيَوْمَ لَا تُظْلَمُ نَفْسٌ شَيْئًا وَلَا تُجْزَوْنَ إِلَّا مَا
كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ٥٤
إِنَّ أَصْحَابَ الْجَنَّةِ الْيَوْمَ فِي شُغُلٍ فَاكِهُونَ ٥٥
هُمْ وَأَزْوَاجُهُمْ فِي ظِلَالٍ عَلَى الْأَرَائِكِ مُتَّكِئُونَ ٥٦
لَهُمْ فِيهَا فَاكِهَةٌ وَلَهُم مَّا يَدَّعُونَ ٥٧
سَلَامٌ قَوْلًا مِّن رَّبٍّ رَّحِيمٍ ٥٨
وَامْتَازُوا الْيَوْمَ أَيُّهَا الْمُجْرِمُونَ ٥٩
أَلَمْ أَعْهَدْ إِلَيْكُمْ يَا بَنِي آدَمَ أَن لَّا تَعْبُدُوا الشَّيْطَانَ
إِنَّهُ لَكُمْ عَدُوٌّ مُّبِينٌ ٦٠
وَأَنِ اعْبُدُونِي هَٰذَا صِرَاطٌ مُّسْتَقِيمٌ ٦١
وَلَقَدْ أَضَلَّ مِنكُمْ جِبِلًّا كَثِيرًا أَفَلَمْ تَكُونُوا
تَعْقِلُونَ ٦٢
هَٰذِهِ جَهَنَّمُ الَّتِي كُنتُمْ تُوعَدُونَ ٦٣
اصْلَوْهَا الْيَوْمَ بِمَا كُنتُمْ تَكْفُرُونَ ٦٤
الْيَوْمَ نَخْتِمُ عَلَىٰ أَفْوَاهِهِمْ وَتُكَلِّمُنَا أَيْدِيهِمْ
وَتَشْهَدُ أَرْجُلُهُم بِمَا كَانُوا يَكْسِبُونَ ٦٥
وَلَوْ نَشَاءُ لَطَمَسْنَا عَلَىٰ أَعْيُنِهِمْ فَاسْتَبَقُوا الصِّرَاطَ
فَأَنَّىٰ يُبْصِرُونَ ٦٦
وَلَوْ نَشَاءُ لَمَسَخْنَاهُمْ عَلَىٰ مَكَانَتِهِمْ فَمَا اسْتَطَاعُوا
مُضِيًّا وَلَا يَرْجِعُونَ ٦٧
وَمَن نُّعَمِّرْهُ نُنَكِّسْهُ فِي الْخَلْقِ أَفَلَا يَعْقِلُونَ ٦٨

68. Se Ni volus, Ni povus transformi ilin, kie ili estas; tiam ili ne povus antaŭeniri aŭ malantaŭeniri.

69. Tiun, al kiu Ni donis longan vivon, Ni transformas en la kreo. Ĉu ili do ne volas kompreni?

70. Ni ne instruis al li la arton de la poezio, kaj ĝi ne konvenis al li. Tio nur estas admono kaj klariga Korano,

71. kiu admonu ĉiun vivanton, por ke la juĝo estu plenumita kontraŭ la miskredantoj.

72. Ĉu ili ne vidis, ke Ni kreis por ili – inter la aĵoj, kiujn kreis Niaj manoj – la brutaron, super kiu ili havas la suverenecon?

73. Ni faris ĝin obea al ili, tiel ke iuj estas por rajdi kaj iujn ili manĝas.

74. De ili ankaŭ estiĝas por ili aliaj utiloj kaj trinkaĵo. Ĉu ili do ne volas esti dankaj?

75. Ili prenis al si Diojn anstataŭ Allahon, por havi helpon al si mem.

76. Tiuj ne kapablas helpi al ili, sed ili fariĝos mem legiono kontraŭ ili.

77. Ne lasu do ilian paroladon ĉagreni vin. Ni scias, kion ili kaŝas, kaj kion ili malkaŝas.

78. Ĉu ne vidas la homo, ke Ni kreis lin el spermoguto? Jen! li estas evidenta kontraŭstaranto.

79. Li rakontas similaĵojn pri Ni kaj forgesas sian propran kreiĝon. Li diras: ”Kiu revivigos la ostojn, post kiam ili putriĝis? ”.

80. Diru: ”Revivigos ilin Tiu, kiu kreis ilin unuafoje, ĉar Li konas ĉiun kreitaĵon;

81.Tiu, kiu metas por vi la fajron en verdan arbon, kaj jen, vi ekbruligas per ĝi.

وَمَا عَلَّمْنٰهُ الشِّعْرَ وَمَا يَنْۢبَغِيْ لَهٗ ؕ اِنْ هُوَ اِلَّا
ذِكْرٌ وَّقُرْاٰنٌ مُّبِيْنٌ ﴿٦٩﴾
لِّيُنْذِرَ مَنْ كَانَ حَيًّا وَّيَحِقَّ الْقَوْلُ عَلَى الْكٰفِرِيْنَ ﴿٧٠﴾
اَوَلَمْ يَرَوْا اَنَّا خَلَقْنَا لَهُمْ مِّمَّا عَمِلَتْ اَيْدِيْنَاۤ
اَنْعَامًا فَهُمْ لَهَا مٰلِكُوْنَ ﴿٧١﴾
وَذَلَّلْنٰهَا لَهُمْ فَمِنْهَا رَكُوْبُهُمْ وَمِنْهَا يَاْكُلُوْنَ ﴿٧٢﴾
وَلَهُمْ فِيْهَا مَنَافِعُ وَمَشَارِبُ ؕ اَفَلَا يَشْكُرُوْنَ ﴿٧٣﴾
وَاتَّخَذُوْا مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ اٰلِهَةً لَّعَلَّهُمْ يُنْصَرُوْنَ ﴿٧٤﴾
لَا يَسْتَطِيْعُوْنَ نَصْرَهُمْ ۙ وَهُمْ لَهُمْ جُنْدٌ مُّحْضَرُوْنَ ﴿٧٥﴾
فَلَا يَحْزُنْكَ قَوْلُهُمْ ۘ اِنَّا نَعْلَمُ مَا يُسِرُّوْنَ وَمَا
يُعْلِنُوْنَ ﴿٧٦﴾
اَوَلَمْ يَرَ الْاِنْسَانُ اَنَّا خَلَقْنٰهُ مِنْ نُّطْفَةٍ فَاِذَا هُوَ
خَصِيْمٌ مُّبِيْنٌ ﴿٧٧﴾
وَضَرَبَ لَنَا مَثَلًا وَّنَسِيَ خَلْقَهٗ ؕ قَالَ مَنْ يُّحْيِ
الْعِظَامَ وَهِيَ رَمِيْمٌ ﴿٧٨﴾
قُلْ يُحْيِيْهَا الَّذِيْۤ اَنْشَاَهَاۤ اَوَّلَ مَرَّةٍ ؕ وَهُوَ بِكُلِّ
خَلْقٍ عَلِيْمُۨ ﴿٧٩﴾
اِۨلَّذِيْ جَعَلَ لَكُمْ مِّنَ الشَّجَرِ الْاَخْضَرِ نَارًا فَاِذَاۤ
اَنْتُمْ مِّنْهُ تُوْقِدُوْنَ ﴿٨٠﴾
اَوَلَيْسَ الَّذِيْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ بِقٰدِرٍ
عَلٰۤى اَنْ يَّخْلُقَ مِثْلَهُمْ ؕ بَلٰى ۗ وَهُوَ الْخَلّٰقُ الْعَلِيْمُ ﴿٨١﴾
اِنَّمَاۤ اَمْرُهٗۤ اِذَاۤ اَرَادَ شَيْئًا اَنْ يَّقُوْلَ لَهٗ كُنْ فَيَكُوْنُ ﴿٨٢﴾

82. Ĉu ne estas Li Tiu, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron, kiu havas la povon por krei similajn aĵojn? ". Jen! Li estas la granda Kreinto, la Ĉioscia.

83. Vere Lia ordono, kiam Li volas ion, estas nur, ke Li diras: "Estu! " kaj ĝi estas.

84. Sankta estas Tiu, en kies manoj estas la suvereneco super ĉiuj aferoj! Al Li vi revenos.

فَسُبْحٰنَ الَّذِىْ بِيَدِهٖ مَلَكُوْتُ كُلِّ شَىْءٍ وَّاِلَيْهِ
تُرْجَعُوْنَ ﴿٨٣﴾

## سُوْرَةُ الصّٰٓفّٰتِ مَكِّيَّةٌ

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Per la sin ordigantaj en vicojn,

3. kiuj perforte repuŝas la malamikon,

4. kiuj proklamas la admonon!

5. Vere via Dio estas Unu,

6. la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ, kaj la Sinjoro de la Orientoj!

7. Ni ornamis la malsupran ĉielon per ornamaĵo: la planedoj,

8. kaj ĝi donas protekton kontraŭ ĉiuj ribelemaj Satanoj.

9. Ĉi tiuj nenion povas aŭdi de la eminenta kunveno*, kaj ili estas atakitaj de ĉiuj flankoj

10. por esti repuŝitaj. Por ili estos daŭra turmento.

11. Krom tiu, kiu sekrete sukcesas ekkapti iujn vortojn, sed ĝuste tiun persekutos flamo brileganta.

12. Demandu do ilin, ĉu estas pli malfacile krei ilin ol tion, kion Ni kreis. Vere Ni kreis ilin el knedebla argilo.

13. Ne! Vi miras kaj ili mokas,

14. kaj, kiam ili estas admonataj, ili ignoras tion,

* de la anĝeloj

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

وَالصّٰٓفّٰتِ صَفًّا ﴿٢﴾

فَالزّٰجِرٰتِ زَجْرًا ﴿٣﴾

فَالتّٰلِيٰتِ ذِكْرًا ﴿٤﴾

اِنَّ اِلٰهَكُمْ لَوَاحِدٌ ﴿٥﴾

رَبُّ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَا وَرَبُّ
الْمَشَارِقِ ﴿٦﴾

اِنَّا زَيَّنَّا السَّمَآءَ الدُّنْيَا بِزِيْنَةِ الْكَوَاكِبِ ﴿٧﴾

وَحِفْظًا مِّنْ كُلِّ شَيْطٰنٍ مَّارِدٍ ﴿٨﴾

لَا يَسَّمَّعُوْنَ اِلَى الْمَلَاِ الْاَعْلٰى وَيُقْذَفُوْنَ مِنْ
كُلِّ جَانِبٍ ﴿٩﴾

دُحُوْرًا وَّلَهُمْ عَذَابٌ وَّاصِبٌ ﴿١٠﴾

اِلَّا مَنْ خَطِفَ الْخَطْفَةَ فَاَتْبَعَهٗ شِهَابٌ ثَاقِبٌ ﴿١١﴾

فَاسْتَفْتِهِمْ اَهُمْ اَشَدُّ خَلْقًا اَمْ مَّنْ خَلَقْنَا اِنَّا
خَلَقْنٰهُمْ مِّنْ طِيْنٍ لَّازِبٍ ﴿١٢﴾

بَلْ عَجِبْتَ وَيَسْخَرُوْنَ ﴿١٣﴾

وَاِذَا ذُكِّرُوْا لَا يَذْكُرُوْنَ ﴿١٤﴾

وَاِذَا رَاَوْا اٰيَةً يَّسْتَسْخِرُوْنَ ﴿١٥﴾

وَقَالُوْٓا اِنْ هٰذَآ اِلَّا سِحْرٌ مُّبِيْنٌ ﴿١٦﴾

15. kaj, kiam ili vidas signon, ili rigardas ĝin mokindaĵo,

16. kaj ili diras: ”Tio ĉi estas nur evidenta magio;

17. ĉu, post kiam ni mortis kaj fariĝis polvo kaj ostoj, ni estos revekitaj?

18. Kaj niaj prapatroj same? ”.

19. Diru: ”Jes! Krome vi estos humiligitaj”.

20. Tiam estos nur unu krio de riproĉo kaj jen, ili ekvidos,

21. kaj ili diros: ”Ho ve al ni! Tiu ĉi estas la tago de la lasta juĝo! ”.

22. ”Tiu ĉi estas la tago de la decido, kiun vi kutimis negi! ”.

23. Estos dirite al la anĝeloj: ”Kunvenigu la malpiegulojn kaj iliajn edzinojn kaj tion, kion ili adoris

24. anstataŭ Allahon, kaj konduku ilin al la vojo de l’ Infero.

25. Haltigu ilin tie, ĉar ili devos esti demanditaj”.

26. ”Kio estas pri vi, ke vi ne helpas unu la alian? ”.

27. Ne! En tiu tago ili submetiĝos,

28. kaj iuj el ili turnos sin al la aliaj, disputante reciproke.

29. Ili diros: ”Vere vi kutimis veni al ni impone”.

30. Tiuj respondos: ”Ne! Vi mem ne estis kredantoj,

31. kaj ni ne havis iun ajn povon super vi.

أَإِذَا مِتْنَا وَكُنَّا تُرَابًا وَعِظَامًا أَإِنَّا لَمَبْعُوثُونَ ﴿١٧﴾

أَوَآبَاؤُنَا الْأَوَّلُونَ ﴿١٨﴾

قُلْ نَعَمْ وَأَنتُمْ دَاخِرُونَ ﴿١٩﴾

فَإِنَّمَا هِيَ زَجْرَةٌ وَاحِدَةٌ فَإِذَا هُمْ يَنظُرُونَ ﴿٢٠﴾

وَقَالُوا يَا وَيْلَنَا هَٰذَا يَوْمُ الدِّينِ ﴿٢١﴾

هَٰذَا يَوْمُ الْفَصْلِ الَّذِي كُنتُم بِهِ تُكَذِّبُونَ ﴿٢٢﴾

احْشُرُوا الَّذِينَ ظَلَمُوا وَأَزْوَاجَهُمْ وَمَا كَانُوا
يَعْبُدُونَ ﴿٢٣﴾

مِن دُونِ اللَّهِ فَاهْدُوهُمْ إِلَىٰ صِرَاطِ الْجَحِيمِ ﴿٢٤﴾

وَقِفُوهُمْ إِنَّهُم مَّسْئُولُونَ ﴿٢٥﴾

مَا لَكُمْ لَا تَنَاصَرُونَ ﴿٢٦﴾

بَلْ هُمُ الْيَوْمَ مُسْتَسْلِمُونَ ﴿٢٧﴾

وَأَقْبَلَ بَعْضُهُمْ عَلَىٰ بَعْضٍ يَتَسَاءَلُونَ ﴿٢٨﴾

قَالُوا إِنَّكُمْ كُنتُمْ تَأْتُونَنَا عَنِ الْيَمِينِ ﴿٢٩﴾

قَالُوا بَل لَّمْ تَكُونُوا مُؤْمِنِينَ ﴿٣٠﴾

وَمَا كَانَ لَنَا عَلَيْكُم مِّن سُلْطَانٍ بَلْ كُنتُمْ قَوْمًا
طَاغِينَ ﴿٣١﴾

فَحَقَّ عَلَيْنَا قَوْلُ رَبِّنَا إِنَّا لَذَائِقُونَ ﴿٣٢﴾

فَأَغْوَيْنَاكُمْ إِنَّا كُنَّا غَاوِينَ ﴿٣٣﴾

فَإِنَّهُمْ يَوْمَئِذٍ فِي الْعَذَابِ مُشْتَرِكُونَ ﴿٣٤﴾

إِنَّا كَذَٰلِكَ نَفْعَلُ بِالْمُجْرِمِينَ ﴿٣٥﴾

إِنَّهُمْ كَانُوا إِذَا قِيلَ لَهُمْ لَا إِلَٰهَ إِلَّا اللَّهُ

Ne! Vi certe estis popolo transpaŝanta.

32. Tial veriĝis kontraŭ ni la juĝo de nia Sinjoro. Vi certe gustumos la punon.

33. Kaj ni sukcesis delogi vin nur, ĉar ni mem jam estis erarantaj".

34. En tiu tago ili ĉiuj partoprenos en la puno.

35. Tiel Ni agas kontraŭ la kulpuloj,

36. ĉar al ili estis dirite: "Ne ekzistas alia Dio ol Allah", sed ili turnis sin for malhumile,

37. kaj diris: "Ĉu ni forlasu niajn Diojn pro la diroj de freneza poeto? ".

38. Ne! Li venis kun la vero kaj li certigis la antaŭajn senditojn.

39. Certe vi gustumos la doloran punon

40. kaj vi estos repagitaj nur pro tio, kion vi faris,

41. krom la servantoj elektitaj de Allah,

42. kiuj ricevos provizaĵon konatan:

43. fruktojn; kaj ili estos honorataj

44. en ĝardenoj de feliĉo

45. sur tronoj, vidalvide;

46. ĉirkaŭiros por ili kaliko el senĉese fluanta fonto,

47. blanka, bongusta por la trinkantoj.

48. En ĝi ne estos ebrieco, kaj pro ĝi ili ne laciĝos.

49. Apud ili estos ĉastulinoj, modeste rigardantaj per grandaj okuloj,

يَسْتَكْبِرُوْنَ ٣٦
وَيَقُوْلُوْنَ اَئِنَّا لَتَارِكُوْٓا اٰلِهَتِنَا لِشَاعِرٍ مَّجْنُوْنٍ ٣٧
بَلْ جَآءَ بِالْحَقِّ وَصَدَّقَ الْمُرْسَلِيْنَ ٣٨
اِنَّكُمْ لَذَآئِقُوا الْعَذَابِ الْاَلِيْمِ ٣٩
وَمَا تُجْزَوْنَ اِلَّا مَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ٤٠
اِلَّا عِبَادَ اللّٰهِ الْمُخْلَصِيْنَ ٤١
اُولٰٓئِكَ لَهُمْ رِزْقٌ مَّعْلُوْمٌ ٤٢
فَوَاكِهُ ۚ وَهُمْ مُّكْرَمُوْنَ ٤٣
فِيْ جَنّٰتِ النَّعِيْمِ ٤٤
عَلٰى سُرُرٍ مُّتَقٰبِلِيْنَ ٤٥
يُطَافُ عَلَيْهِمْ بِكَاْسٍ مِّنْ مَّعِيْنٍ ٤٦
بَيْضَآءَ لَذَّةٍ لِّلشّٰرِبِيْنَ ٤٧
لَا فِيْهَا غَوْلٌ وَّلَا هُمْ عَنْهَا يُنْزَفُوْنَ ٤٨
وَعِنْدَهُمْ قٰصِرٰتُ الطَّرْفِ عِيْنٌ ٤٩
كَاَنَّهُنَّ بَيْضٌ مَّكْنُوْنٌ ٥٠
فَاَقْبَلَ بَعْضُهُمْ عَلٰى بَعْضٍ يَّتَسَآءَلُوْنَ ٥١
قَالَ قَآئِلٌ مِّنْهُمْ اِنِّيْ كَانَ لِيْ قَرِيْنٌ ٥٢
يَّقُوْلُ اَئِنَّكَ لَمِنَ الْمُصَدِّقِيْنَ ٥٣
ءَاِذَا مِتْنَا وَكُنَّا تُرَابًا وَّعِظَامًا ءَاِنَّا لَمَدِيْنُوْنَ ٥٤
قَالَ هَلْ اَنْتُمْ مُّطَّلِعُوْنَ ٥٥
فَاطَّلَعَ فَرَاٰهُ فِيْ سَوَآءِ الْجَحِيْمِ ٥٦
قَالَ تَاللّٰهِ اِنْ كِدْتَّ لَتُرْدِيْنِ ٥٧

50. kvazaŭ ili estus kaŝitaj perloj.

51. Iuj el ili turnos sin al la aliaj, demandante.

52. Diros parolanto el ilia mezo: "Mi vere havis kunulon,

53. kiu kutimis diri: "Ĉu ankaŭ vi kredas je la reviviĝo?

54. Kiam ni estos mortintaj kaj fariĝintaj polvo kaj ostoj, ĉu vere ni estos juĝitaj?."

55. Li demandos: "Ĉu vi volas rigardi lin? ".

56. Poste li rigardos, kaj li vidos lin en mezo de la flamoj.

57. Li diros: "Per Allah! Vi preskaŭ puŝis min en pereon!

58. Se ne estus pro la kompato de mia Sinjoro, ankaŭ mi estus puŝita en la fajron.

59. Ĉu ne estas tiel, ke ni ne mortos

60. krom nian unuan morton? Ni ne estos punitaj.

61. Vere tio estas la plej granda feliĉo;

62. por io tia agu la agantoj! ".

63. Ĉu tio estas pli bona kiel provizaĵo, aŭ estas pli bona la arbo venena de Zakkūm?

64. Ni vere faris ĝin provo por la malpieguloj.

65. Ĝi estas arbo, kiu kreskas el la profundo de l' Infero.

66. Ĝiaj fruktoj estas kvazaŭ kapoj de teruraj serpentoj.

67. Ili devos manĝi el ĝi kaj plenigi per ĝi siajn ventrojn,

وَلَوْلَا نِعْمَةُ رَبِّي لَكُنْتُ مِنَ الْمُحْضَرِينَ ﴿٥٨﴾
أَفَمَا نَحْنُ بِمَيِّتِينَ ﴿٥٩﴾
إِلَّا مَوْتَتَنَا الْأُولَىٰ وَمَا نَحْنُ بِمُعَذَّبِينَ ﴿٦٠﴾
إِنَّ هَٰذَا لَهُوَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿٦١﴾
لِمِثْلِ هَٰذَا فَلْيَعْمَلِ الْعَامِلُونَ ﴿٦٢﴾
أَذَٰلِكَ خَيْرٌ نُّزُلًا أَمْ شَجَرَةُ الزَّقُّومِ ﴿٦٣﴾
إِنَّا جَعَلْنَاهَا فِتْنَةً لِّلظَّالِمِينَ ﴿٦٤﴾
إِنَّهَا شَجَرَةٌ تَخْرُجُ فِي أَصْلِ الْجَحِيمِ ﴿٦٥﴾
طَلْعُهَا كَأَنَّهُ رُءُوسُ الشَّيَاطِينِ ﴿٦٦﴾
فَإِنَّهُمْ لَآكِلُونَ مِنْهَا فَمَالِئُونَ مِنْهَا الْبُطُونَ ﴿٦٧﴾
ثُمَّ إِنَّ لَهُمْ عَلَيْهَا لَشَوْبًا مِّنْ حَمِيمٍ ﴿٦٨﴾
ثُمَّ إِنَّ مَرْجِعَهُمْ لَإِلَى الْجَحِيمِ ﴿٦٩﴾
إِنَّهُمْ أَلْفَوْا آبَاءَهُمْ ضَالِّينَ ﴿٧٠﴾
فَهُمْ عَلَىٰ آثَارِهِمْ يُهْرَعُونَ ﴿٧١﴾
وَلَقَدْ ضَلَّ قَبْلَهُمْ أَكْثَرُ الْأَوَّلِينَ ﴿٧٢﴾
وَلَقَدْ أَرْسَلْنَا فِيهِمْ مُّنْذِرِينَ ﴿٧٣﴾
فَانْظُرْ كَيْفَ كَانَ عَاقِبَةُ الْمُنْذَرِينَ ﴿٧٤﴾
إِلَّا عِبَادَ اللَّهِ الْمُخْلَصِينَ ﴿٧٥﴾ ع

68. poste ili ricevos por trinki miksaĵon el bolanta akvo.

69. Poste okazos ilia reveno al la Infero.

70. Ili trovos tie siajn patrojn kiel eraran-tojn,

71. kaj ili sekvos rapide iliajn piedsignojn.

72. La plej multaj prapatroj eraradis antaŭ ili,

73. kaj Ni sendis al ili admonantojn.

74. Rigardu do, kiel estis la fino de la admo-nitoj,

75. krom la elektitaj servantoj de Allah!

76. Vere Noa vokis Nin; kiel bonega plenu-manto de la petoj Ni estas!

77. Kaj Ni savis lin kaj lian familion de teru-ra malfeliĉo

78. kaj Ni faris liajn idojn solaj postvivantoj,

79. kaj Ni lasis pri li bonan memoron ĉe la posteuloj.

80. Pacon super Noa inter ĉiuj nacioj!

81. Vere tiel Ni rekompencas la bonfaran-tojn.

82. Li certe estis unu el Niaj kredantaj ser-vantoj.

83. Poste Ni dronigis la aliajn.

84. Vere al lia kredo apartenis ankaŭ Abra-ham,

85. kiam li venis al sia Sinjoro kun pura ko-ro,

وَلَقَدْ نَادٰىنَا نُوحٌ فَلَنِعْمَ الْمُجِيبُونَ ﴿٧٦﴾

وَنَجَّيْنٰهُ وَأَهْلَهُ مِنَ الْكَرْبِ الْعَظِيمِ ﴿٧٧﴾

وَجَعَلْنَا ذُرِّيَّتَهُ هُمُ الْبٰقِينَ ﴿٧٨﴾

وَتَرَكْنَا عَلَيْهِ فِي الْاٰخِرِينَ ﴿٧٩﴾

سَلٰمٌ عَلٰى نُوحٍ فِي الْعٰلَمِينَ ﴿٨٠﴾

إِنَّا كَذٰلِكَ نَجْزِي الْمُحْسِنِينَ ﴿٨١﴾

إِنَّهُ مِنْ عِبَادِنَا الْمُؤْمِنِينَ ﴿٨٢﴾

ثُمَّ أَغْرَقْنَا الْاٰخَرِينَ ﴿٨٣﴾

وَإِنَّ مِنْ شِيعَتِهِ لَإِبْرٰهِيمَ ﴿٨٤﴾

إِذْ جَاءَ رَبَّهُ بِقَلْبٍ سَلِيمٍ ﴿٨٥﴾

إِذْ قَالَ لِأَبِيهِ وَقَوْمِهِ مَاذَا تَعْبُدُونَ ﴿٨٦﴾

أَئِفْكًا اٰلِهَةً دُونَ اللّٰهِ تُرِيدُونَ ﴿٨٧﴾

فَمَا ظَنُّكُمْ بِرَبِّ الْعٰلَمِينَ ﴿٨٨﴾

فَنَظَرَ نَظْرَةً فِي النُّجُومِ ﴿٨٩﴾

فَقَالَ إِنِّي سَقِيمٌ ﴿٩٠﴾

فَتَوَلَّوْا عَنْهُ مُدْبِرِينَ ﴿٩١﴾

فَرَاغَ إِلٰى اٰلِهَتِهِمْ فَقَالَ أَلَا تَأْكُلُونَ ﴿٩٢﴾

مَا لَكُمْ لَا تَنْطِقُونَ ﴿٩٣﴾

فَرَاغَ عَلَيْهِمْ ضَرْبًا بِالْيَمِينِ ﴿٩٤﴾

فَأَقْبَلُوا إِلَيْهِ يَزِفُّونَ ﴿٩٥﴾

قَالَ أَتَعْبُدُونَ مَا تَنْحِتُونَ ﴿٩٦﴾

وَاللّٰهُ خَلَقَكُمْ وَمَا تَعْمَلُونَ ﴿٩٧﴾

86. kiam li diris al sia patro kaj al sia popolo: "Kion adoras vi?

87. Ĉu estas mensogo – Dioj krom Allah –, kiun vi deziregas?

88. Kion vi kredas pri la Sinjoro de l' Universo? ".

89. Poste li turnis sian rigardon al la steloj,

90. kaj li diris: "Mi vere malsaniĝas".

91. Tiam ili turnis sin for de li kaj foriris.

92. Li turnis sin ĝiam sekrete al iliaj Dioj kaj demandis ilin: "Ĉu vi ne manĝas?

93. Kio estas pri vi, ke vi ne parolas? ".

94. Tiam li tuj komencis frapi ilin forte per sia mano dekstra.

95. Tiam ili venis al li kurante.

96. Li diris al ili: "Ĉu vi adoras, kion vi mem skulptis,

97. kvankam Allah kreis vin kaj la faritaĵojn de viaj manoj? ".

98. Ili respondis: "Konstruu por li fornegon, kaj ĵetu lin en la flamojn! ".

99. Ili komplotis pri atako kontraŭ li, kaj Ni faris ilin malsuperegaj;

100. kaj li diris: "Jen! mi iras al mia Sinjoro, kiu gvidos min ĝuste.

101. Mia Sinjoro, donu al mi justan filon! ".

102. Tiam Ni donis al li la bonan novaĵon de dolĉa filo.

103. Kiam tiu ĉi estis sufiĉe aĝa por labori kun li, li diris: "Ho mia filo, mi vidis min en songo oferbuĉanta vin. Nun vidu, kion vi

قَالُوا ابْنُوا لَهُ بُنْيَانًا فَأَلْقُوهُ فِي الْجَحِيمِ ﴿٩٨﴾
فَأَرَادُوا بِهِ كَيْدًا فَجَعَلْنَاهُمُ الْأَسْفَلِينَ ﴿٩٩﴾
وَقَالَ إِنِّي ذَاهِبٌ إِلَىٰ رَبِّي سَيَهْدِينِ ﴿١٠٠﴾
رَبِّ هَبْ لِي مِنَ الصَّالِحِينَ ﴿١٠١﴾
فَبَشَّرْنَاهُ بِغُلَامٍ حَلِيمٍ ﴿١٠٢﴾
فَلَمَّا بَلَغَ مَعَهُ السَّعْيَ قَالَ يَا بُنَيَّ إِنِّي أَرَىٰ فِي
الْمَنَامِ أَنِّي أَذْبَحُكَ فَانْظُرْ مَاذَا تَرَىٰ قَالَ
يَا أَبَتِ افْعَلْ مَا تُؤْمَرُ سَتَجِدُنِي إِنْ شَاءَ اللَّهُ
مِنَ الصَّابِرِينَ ﴿١٠٣﴾
فَلَمَّا أَسْلَمَا وَتَلَّهُ لِلْجَبِينِ ﴿١٠٤﴾
وَنَادَيْنَاهُ أَنْ يَا إِبْرَاهِيمُ ﴿١٠٥﴾
قَدْ صَدَّقْتَ الرُّؤْيَا إِنَّا كَذَٰلِكَ نَجْزِي الْمُحْسِنِينَ ﴿١٠٦﴾
إِنَّ هَٰذَا لَهُوَ الْبَلَاءُ الْمُبِينُ ﴿١٠٧﴾
وَفَدَيْنَاهُ بِذِبْحٍ عَظِيمٍ ﴿١٠٨﴾
وَتَرَكْنَا عَلَيْهِ فِي الْآخِرِينَ ﴿١٠٩﴾
سَلَامٌ عَلَىٰ إِبْرَاهِيمَ ﴿١١٠﴾

pensas pri tio? ". Li respondis: "Ho mia patro, faru tion, kio estas ordonita. Vi trovos min pacienca, se Allah volas".

104. Kiam ili ambaŭ submetiĝis kaj li (Abraham) kuŝigis lin, la frunton kontraŭ la tero,

105. Ni vokis lin: "Ho Abraham,

106. vi certe jam plenumis la sonĝon". Tiel Ni rekompencas la bonfarantojn.

107. Tiu ĉi vere estis evidenta elprovo,

108. kaj Ni elaĉetis lin per granda ofero,

109. kaj Ni lasis pri li bonan memoron ĉe la posteuloj.

110. Pacon super Abraham!

111. Tiel Ni rekompencas la bonfarantojn.

112. Li estis unu el Niaj kredantaj servantoj.

113. Ni donis al li la bonan novaĵon pri Isaak, profeto, justulo,

114. kaj Ni benis lin kaj Isaakon. Inter iliaj idoj estas iu justulo kaj aliaj, kiuj estas evidentaj malpieguloj.

115. Ni ankaŭ kondutis favore al Moseo kaj Aaron,

116. kaj Ni savis ilin ambaŭ kaj ilian popolon de terura malfeliĉo,

117. kaj Ni helpis ilin, tiel ke ili venkis.

118. Ni donis al ili la klarigan Libron,

119. kaj Ni gvidis ilin sur la rektan vojon.

120. Kaj Ni lasis pri ili ambaŭ bonan memoron ĉe la posteuloj.

121. Pacon super Moseo kaj Aaron!

كَذَٰلِكَ نَجْزِي الْمُحْسِنِينَ ﴿١١١﴾
إِنَّهُ مِنْ عِبَادِنَا الْمُؤْمِنِينَ ﴿١١٢﴾
وَبَشَّرْنَاهُ بِإِسْحَاقَ نَبِيًّا مِنَ الصَّالِحِينَ ﴿١١٣﴾
وَبَارَكْنَا عَلَيْهِ وَعَلَىٰ إِسْحَاقَ وَمِنْ ذُرِّيَّتِهِمَا
مُحْسِنٌ وَظَالِمٌ لِنَفْسِهِ مُبِينٌ ﴿١١٤﴾ ع

وَلَقَدْ مَنَنَّا عَلَىٰ مُوسَىٰ وَهَارُونَ ﴿١١٥﴾
وَنَجَّيْنَاهُمَا وَقَوْمَهُمَا مِنَ الْكَرْبِ الْعَظِيمِ ﴿١١٦﴾
وَنَصَرْنَاهُمْ فَكَانُوا هُمُ الْغَالِبِينَ ﴿١١٧﴾
وَآتَيْنَاهُمَا الْكِتَابَ الْمُسْتَبِينَ ﴿١١٨﴾
وَهَدَيْنَاهُمَا الصِّرَاطَ الْمُسْتَقِيمَ ﴿١١٩﴾

122. Tiel Ni rekompencas la bonfarantojn.

123. Vere ili ambaŭ estis Niaj kredantaj servantoj.

124. Ankaŭ Elija estis unu el la senditoj,

125. kiam li parolis al sia popolo: "Ĉu vi do ne volas esti justuloj?

126. Ĉu vi volas alvoki Baalon* kaj forlasi la plej bonan Kreinton,

127. Allahon, vian Sinjoron kaj la Sinjoron de viaj prapatroj? ".

128. Ili negis kaj ili certe estos portitaj al la juĝo,

129. krom la servantoj elektitaj de Allah.

130. Ni lasis pri li bonan memoron ĉe la posteuloj.

131. Pacon super Elija kaj lia gento!

132. Tiel Ni rekompencas la bonfarantojn.

133. Vere li estis Nia kredanta servanto.

134. Vere ankaŭ Lot estis unu el la senditoj,

135. kiam Ni savis lin kaj lian tutan familion

136. krom maljuna virino inter tiuj, kiuj restis malantaŭe.

137. Poste Ni tute neniigis la aliajn.

138. Vere vi preterpasas ilin matene

139. kaj nokte. Ĉu vi do ne volas kompreni?

140. Vere ankaŭ Jona estis unu el la senditoj,

وَتَرَكْنَا عَلَيْهِمَا فِي الْآخِرِينَ ﴿١٢٠﴾
سَلٰمٌ عَلٰى مُوسٰى وَهٰرُوْنَ ﴿١٢١﴾
اِنَّا كَذٰلِكَ نَجْزِى الْمُحْسِنِيْنَ ﴿١٢٢﴾
اِنَّهُمَا مِنْ عِبَادِنَا الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٢٣﴾
وَاِنَّ اِلْيَاسَ لَمِنَ الْمُرْسَلِيْنَ ﴿١٢٤﴾
اِذْ قَالَ لِقَوْمِهٖٓ اَلَا تَتَّقُوْنَ ﴿١٢٥﴾
اَتَدْعُوْنَ بَعْلًا وَّتَذَرُوْنَ اَحْسَنَ الْخَالِقِيْنَ ﴿١٢٦﴾
اللّٰهَ رَبَّكُمْ وَرَبَّ اٰبَآئِكُمُ الْاَوَّلِيْنَ ﴿١٢٧﴾
فَكَذَّبُوْهُ فَاِنَّهُمْ لَمُحْضَرُوْنَ ﴿١٢٨﴾
اِلَّا عِبَادَ اللّٰهِ الْمُخْلَصِيْنَ ﴿١٢٩﴾
وَتَرَكْنَا عَلَيْهِ فِي الْاٰخِرِيْنَ ﴿١٣٠﴾
سَلٰمٌ عَلٰٓى اِلْ يَاسِيْنَ ﴿١٣١﴾
اِنَّا كَذٰلِكَ نَجْزِى الْمُحْسِنِيْنَ ﴿١٣٢﴾
اِنَّهٗ مِنْ عِبَادِنَا الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٣٣﴾
وَاِنَّ لُوْطًا لَّمِنَ الْمُرْسَلِيْنَ ﴿١٣٤﴾
اِذْ نَجَّيْنٰهُ وَاَهْلَهٗٓ اَجْمَعِيْنَ ﴿١٣٥﴾
اِلَّا عَجُوْزًا فِي الْغٰبِرِيْنَ ﴿١٣٦﴾
ثُمَّ دَمَّرْنَا الْاٰخَرِيْنَ ﴿١٣٧﴾
وَاِنَّكُمْ لَتَمُرُّوْنَ عَلَيْهِمْ مُّصْبِحِيْنَ ﴿١٣٨﴾
وَبِالَّيْلِ اَفَلَا تَعْقِلُوْنَ ﴿١٣٩﴾ ع

* t.e.: la idolojn

141. kiam li fuĝis al ŝipo ŝarĝita

142. kaj lotis kaj malgajnis.

143. La fiŝego englutis lin, dum li riproĉis sin mem.

144. Se li ne estus laŭdeginta Dion,

145. li certe restus en ĝia ventro ĝis la tago de la leviĝo.

146. Poste Ni puŝegis lin al la marbordo kaj li malsaniĝis,

147. kaj Ni kreskigis super li kukurbon,

148. kaj Ni sendis lin al centmil aŭ pli,

149. kaj ili konvertiĝis, tial Ni provizis ilin por iom da tempo.

150. Nun demandu ilin, ĉu ilia Sinjoro havas filinojn, dum ili havas filojn.

151. Ĉu Ni do kreis la anĝelojn virinaj, dum ili ĉeestis?

152. Aŭskultu! Tio estas nur ilia elpensaĵo, kiam ili diras:

153. "Allah naskis". Ili certe estas mensoguloj.

154. Ĉu Li preferis filinojn al filoj?

155. Kio konfuzigas vin? Kiel vi nun juĝas?

156. Ĉu vi do ne volas pripensi?

157. Ĉu vi havas pruvon evidentan?

158. Alportu do v i a n L i b r o n, se vi estas sinceraj.

159. Ili elpensas similecon inter Li kaj la Ĝinnoj, kvankam la Ĝinnoj bone scias, ke ili estos kondukitaj al la juĝo.

وَإِنَّ يُونُسَ لَمِنَ الْمُرْسَلِينَ ﴿١٣٩﴾

إِذْ أَبَقَ إِلَى الْفُلْكِ الْمَشْحُونِ ﴿١٤٠﴾

فَسَاهَمَ فَكَانَ مِنَ الْمُدْحَضِينَ ﴿١٤١﴾

فَالْتَقَمَهُ الْحُوتُ وَهُوَ مُلِيمٌ ﴿١٤٢﴾

فَلَوْلَا أَنَّهُ كَانَ مِنَ الْمُسَبِّحِينَ ﴿١٤٣﴾

لَلَبِثَ فِي بَطْنِهِ إِلَىٰ يَوْمِ يُبْعَثُونَ ﴿١٤٤﴾

فَنَبَذْنَاهُ بِالْعَرَاءِ وَهُوَ سَقِيمٌ ﴿١٤٥﴾

وَأَنْبَتْنَا عَلَيْهِ شَجَرَةً مِنْ يَقْطِينٍ ﴿١٤٦﴾

وَأَرْسَلْنَاهُ إِلَىٰ مِائَةِ أَلْفٍ أَوْ يَزِيدُونَ ﴿١٤٧﴾

فَآمَنُوا فَمَتَّعْنَاهُمْ إِلَىٰ حِينٍ ﴿١٤٨﴾

فَاسْتَفْتِهِمْ أَلِرَبِّكَ الْبَنَاتُ وَلَهُمُ الْبَنُونَ ﴿١٤٩﴾

أَمْ خَلَقْنَا الْمَلَائِكَةَ إِنَاثًا وَهُمْ شَاهِدُونَ ﴿١٥٠﴾

أَلَا إِنَّهُمْ مِنْ إِفْكِهِمْ لَيَقُولُونَ ﴿١٥١﴾

وَلَدَ اللَّهُ وَإِنَّهُمْ لَكَاذِبُونَ ﴿١٥٢﴾

أَصْطَفَى الْبَنَاتِ عَلَى الْبَنِينَ ﴿١٥٣﴾

مَا لَكُمْ كَيْفَ تَحْكُمُونَ ﴿١٥٤﴾

أَفَلَا تَذَكَّرُونَ ﴿١٥٥﴾

أَمْ لَكُمْ سُلْطَانٌ مُبِينٌ ﴿١٥٦﴾

فَأْتُوا بِكِتَابِكُمْ إِنْ كُنْتُمْ صَادِقِينَ ﴿١٥٧﴾

وَجَعَلُوا بَيْنَهُ وَبَيْنَ الْجِنَّةِ نَسَبًا ۚ وَلَقَدْ عَلِمَتِ
الْجِنَّةُ إِنَّهُمْ لَمُحْضَرُونَ ﴿١٥٨﴾

160. Sankta estas Allah super tio, kion ili asertas,

سُبْحَانَ اللَّهِ عَمَّا يَصِفُونَ ﴿١٦٠﴾

161. krom pri la kredantaj servantoj de Allah!

إِلَّا عِبَادَ اللَّهِ الْمُخْلَصِينَ ﴿١٦١﴾

162. Vere vi, kaj tio, kion vi adoras,

فَإِنَّكُمْ وَمَا تَعْبُدُونَ ﴿١٦٢﴾

163. ne kapablas delogi iun ajn kontraŭ Li

مَا أَنْتُمْ عَلَيْهِ بِفَاتِنِينَ ﴿١٦٣﴾

164. krom tiun, kiu devos bruli en la Infero.

إِلَّا مَنْ هُوَ صَالِ الْجَحِيمِ ﴿١٦٤﴾

165. Inter ni ne estas iu ajn, por kiu ne estas destinita loko.

وَمَا مِنَّا إِلَّا لَهُ مَقَامٌ مَعْلُومٌ ﴿١٦٥﴾

166. Vere, ni estas la ordigitaj en vicojn.

وَإِنَّا لَنَحْنُ الصَّافُّونَ ﴿١٦٦﴾

167. Vere, ni gloras Lin.

وَإِنَّا لَنَحْنُ الْمُسَبِّحُونَ ﴿١٦٧﴾

168. Ili kutimis diri:

وَإِنْ كَانُوا لَيَقُولُونَ ﴿١٦٨﴾

169. "Ho! Se ni havus admonanton kiel la prapatroj,

لَوْ أَنَّ عِنْدَنَا ذِكْرًا مِنَ الْأَوَّلِينَ ﴿١٦٩﴾

170. ni certe estus servantoj elektitaj de Allah! ".

لَكُنَّا عِبَادَ اللَّهِ الْمُخْلَصِينَ ﴿١٧٠﴾

171. Ili tamen nekredis je Li, sed baldaŭ ili ekscios.

فَكَفَرُوا بِهِ فَسَوْفَ يَعْلَمُونَ ﴿١٧١﴾

172. Vere Nia vorto jam iris al Niaj servantoj, la senditoj,

وَلَقَدْ سَبَقَتْ كَلِمَتُنَا لِعِبَادِنَا الْمُرْسَلِينَ ﴿١٧٢﴾

173. ke al ili estos helpate,

إِنَّهُمْ لَهُمُ الْمَنْصُورُونَ ﴿١٧٣﴾

174. kaj ke certe Niaj trupoj venkos.

وَإِنَّ جُنْدَنَا لَهُمُ الْغَالِبُونَ ﴿١٧٤﴾

175. Turnu vin do for de ili por iom da tempo,

فَتَوَلَّ عَنْهُمْ حَتَّىٰ حِينٍ ﴿١٧٥﴾

176. kaj rigardu ilin, ĉar ili baldaŭ ekvidos.

وَأَبْصِرْهُمْ فَسَوْفَ يُبْصِرُونَ ﴿١٧٦﴾

177. Ĉu estas Nia puno, kiun ili volas akceli?

أَفَبِعَذَابِنَا يَسْتَعْجِلُونَ ﴿١٧٧﴾

178. Kiam ĝi tamen malsupreniros sur iliajn bienojn, malbona estos la mateno por la admonitoj!

فَإِذَا نَزَلَ بِسَاحَتِهِمْ فَسَاءَ صَبَاحُ الْمُنْذَرِينَ ﴿١٧٨﴾

179. Vi do turnu vin for de ili por iom da tempo,

وَتَوَلَّ عَنْهُمْ حَتَّىٰ حِينٍ ﴿١٧٩﴾

180. kaj rigardu ilin, ĉar ili baldaŭ ekvidos.

وَّأَبْصِرْ فَسَوْفَ يُبْصِرُوْنَ ﴿١٨٠﴾

181. Sankta estas via Sinjoro, la Sinjoro de la povo, eminenta super tio, kion ili asertas!

سُبْحٰنَ رَبِّكَ رَبِّ الْعِزَّةِ عَمَّا يَصِفُوْنَ ﴿١٨١﴾

182. Pacon super la senditoj!

وَسَلٰمٌ عَلَى الْمُرْسَلِيْنَ ﴿١٨٢﴾

183. Laŭdegata estu Allah, la Sinjoro de l' Universo!

وَالْحَمْدُ لِلّٰهِ رَبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿١٨٣﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

2. Sũãd. Per la Korano, plena de admono!

صٓ وَالْقُرْاٰنِ ذِي الذِّكْرِ (٢)

3. Jen! La miskredantoj troviĝas en fieregeco kaj malamikeco.

بَلِ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا فِيْ عِزَّةٍ وَّشِقَاقٍ (٣)

4. Kiom multajn generaciojn Ni neniigis antaŭ ili! Ili krias, ĉar plu ne estas tempo por fuĝi.

كَمْ اَهْلَكْنَا مِنْ قَبْلِهِمْ مِّنْ قَرْنٍ فَنَادَوْا وَّلَاتَ
حِيْنَ مَنَاصٍ (٤)

5. Ili miras, ĉar admonanto venis al ili el ilia mezo, kaj la miskredantoj diras: "Tiu ĉi estas sorĉisto, mensogulo.

وَعَجِبُوْٓا اَنْ جَآءَهُمْ مُّنْذِرٌ مِّنْهُمْ وَقَالَ الْكٰفِرُوْنَ
هٰذَا سٰحِرٌ كَذَّابٌ (٥)

6. Ĉu li faras el la Dioj unu nuran Dion? Tio vere estas mirindaĵo! ".

اَجَعَلَ الْاٰلِهَةَ اِلٰهًا وَّاحِدًا ۚ اِنَّ هٰذَا لَشَيْءٌ
عُجَابٌ (٦)

7. La estro inter ili anoncis: "Iru kaj persistu rilate al viaj Dioj! Tio ĉi estas aĉa projekto.

وَانْطَلَقَ الْمَلَاُ مِنْهُمْ اَنِ امْشُوْا وَاصْبِرُوْا عَلٰٓى
اٰلِهَتِكُمْ ۚ اِنَّ هٰذَا لَشَيْءٌ يُّرَادُ (٧)

8. Ni neniam aŭdis ion pri tio ĉi eĉ ĉe la lasta komunumo. Tio ĉi estas nur elpensaĵo.

مَا سَمِعْنَا بِهٰذَا فِي الْمِلَّةِ الْاٰخِرَةِ ۚ اِنْ هٰذَآ اِلَّا
اخْتِلَاقٌ (٨)

9. Ĉu venis ĝuste al li la admono inter ni ĉiuj? ". Ne, ili estas en dubo pri la admono. Ne, ili ankoraŭ ne gustumis Mian punon.

ءَاُنْزِلَ عَلَيْهِ الذِّكْرُ مِنْ بَيْنِنَا ۗ بَلْ هُمْ فِيْ شَكٍّ
مِّنْ ذِكْرِيْ ۚ بَلْ لَّمَّا يَذُوْقُوْا عَذَابِ (٩)

10. Ĉu ili posedas la trezorojn de la kompato de via Sinjoro, la Ĉiopova, la Grandanima?

اَمْ عِنْدَهُمْ خَزَآئِنُ رَحْمَةِ رَبِّكَ الْعَزِيْزِ الْوَهَّابِ (١٠)

11. Ĉu ili posedas la suverenecon de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ, tiel ke ili povas supreniri al la ĉielaj regionoj?

اَمْ لَهُمْ مُّلْكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَا ۙ
فَلْيَرْتَقُوْا فِي الْاَسْبَابِ (١١)

12. Ili estas armeo de la konfederacianoj, kiu estos venkita.

جُنْدٌ مَّا هُنَالِكَ مَهْزُوْمٌ مِّنَ الْاَحْزَابِ (١٢)

* Verama!

13. Jam negis antaŭ ili la popolo de Noa kaj la Aadanoj kaj Faraono, la sinjoro de la palisoj

كَذَّبَتْ قَبْلَهُمْ قَوْمُ نُوحٍ وَعَادٌ وَفِرْعَوْنُ
ذُو الْأَوْتَادِ ﴿١٣﴾

14. kaj Tamūd kaj la popolo de Lot kaj la loĝantoj de l' arbarego – tiuj estas la konfederacianoj.

وَثَمُودُ وَقَوْمُ لُوطٍ وَأَصْحَابُ لْئَيْكَةِ ۚ أُولَٰئِكَ
الْأَحْزَابُ ﴿١٤﴾

15. Ĉiu el ili rifuzis la senditojn, tial Mia puno estis justa.

إِنْ كُلٌّ إِلَّا كَذَّبَ الرُّسُلَ فَحَقَّ عِقَابِ ﴿١٥﴾

16. Ĉi tiuj atendas nur unu kriegon, kiu ne estos prokrastita,

وَمَا يَنْظُرُ هَٰؤُلَاءِ إِلَّا صَيْحَةً وَاحِدَةً مَا لَهَا مِنْ فَوَاقٍ ﴿١٦﴾

17. kaj ili diros: ''Nia Sinjoro, akcelu nian parton de la puno antaŭ la tago de la juĝo''.

وَقَالُوا رَبَّنَا عَجِّلْ لَنَا قِطَّنَا قَبْلَ يَوْمِ الْحِسَابِ ﴿١٧﴾

18. Toleru pacience tion, kion ili diras, kaj memoru Nian servanton Davidon, la sinjoron de la forto: li vere turnis sin al Dio.

اصْبِرْ عَلَىٰ مَا يَقُولُونَ وَاذْكُرْ عَبْدَنَا دَاوُودَ ذَا الْأَيْدِ
إِنَّهُ أَوَّابٌ ﴿١٨﴾

19. Ni igis la montojn servi kaj gloregi kun li Dion vespere kaj sunleviĝe;

إِنَّا سَخَّرْنَا الْجِبَالَ مَعَهُ يُسَبِّحْنَ بِالْعَشِيِّ وَ
الْإِشْرَاقِ ﴿١٩﴾

20. kaj la birdojn, kiuj kunflugis; ĉiuj estis obeemaj al li.

وَالطَّيْرَ مَحْشُورَةً ۖ كُلٌّ لَهُ أَوَّابٌ ﴿٢٠﴾

21. Ni firmigis lian suverenecon kaj Ni donis al li la saĝon kaj la kapablon por decidi.

وَشَدَدْنَا مُلْكَهُ وَآتَيْنَاهُ الْحِكْمَةَ وَفَصْلَ
الْخِطَابِ ﴿٢١﴾

22. Ĉu atingis vin la rakonto pri la disputantoj, kiam ili grimpis trans la muron de lia ĉambro;

وَهَلْ أَتَاكَ نَبَأُ الْخَصْمِ إِذْ تَسَوَّرُوا الْمِحْرَابَ ﴿٢٢﴾

23. kiam ili eniris en la domon de David, li timegis ilin. Ili diris: ''Ne timu. Ni estas du disputantoj: unu el ni pekis kontraŭ la alia, do vi juĝu inter ni laŭvere, kaj ne agu maljuste, kaj gvidu nin sur la ebenan vojon.

إِذْ دَخَلُوا عَلَىٰ دَاوُودَ فَفَزِعَ مِنْهُمْ ۖ قَالُوا لَا تَخَفْ ۖ
خَصْمَانِ بَغَىٰ بَعْضُنَا عَلَىٰ بَعْضٍ فَاحْكُمْ بَيْنَنَا
بِالْحَقِّ وَلَا تُشْطِطْ وَاهْدِنَا إِلَىٰ سَوَاءِ الصِّرَاطِ ﴿٢٣﴾

24. Ĉi tiu estas vere mia frato, li posedas naŭdek naŭ ŝafojn kaj mi posedas nur unu ŝafon. Li diris: ''Konfidu ĝin al mi'' kaj li trompis min en la disputo''.

إِنَّ هَٰذَا أَخِي لَهُ تِسْعٌ وَتِسْعُونَ نَعْجَةً وَلِيَ
نَعْجَةٌ وَاحِدَةٌ فَقَالَ أَكْفِلْنِيهَا وَعَزَّنِي
فِي الْخِطَابِ ﴿٢٤﴾

25. David diris: ''Vere li malbonfaris al vi, postulante de vi vian ŝafon por aldoni ĝin

قَالَ لَقَدْ ظَلَمَكَ بِسُؤَالِ نَعْجَتِكَ إِلَىٰ نِعَاجِهِ ۖ

al siaj ŝafoj, kaj vere multaj asociintoj kutimas malbonfari unu al la alia, krom tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, sed ĉi tiuj estas malmultaj". David tiam rimarkis, ke Ni ĵus provis lin, do li petis pardonon de sia Sinjoro, kaj li terenkuŝiĝis adorante, kaj li pentis.

26. Ni tiam pardonis lin pro tio; vere al li estis konsentita la aliro al Ni kaj bonega restadejo.

27. "Ho David, Ni vere faris vin anstataŭanto sur la tero, do juĝu inter la homoj laŭvere, kaj ne sekvu la pasiojn, por ke ili ne devojigu vin de la afero de Allah. Vere por tiuj, kiuj divojiĝas de la afero de Allah, estos severa puno, ĉar ili forgesis la tagon de la juĝo.

28. Ni ne kreis sensence la ĉielon kaj la teron kaj tion, kio estas inter ili ambaŭ. Tiu estas la opinio de la miskredantoj. Ve al la miskredantoj pro la fajro!

29. Ĉu Ni povus rigardi tiujn, kiuj kredas kaj bonfaras, same kiel tiujn, kiuj estigas malpacon sur la tero? Ĉu Ni povus rigardi la justulojn same kiel la maljustulojn?

30. Ni sendis al vi benatan Libron, por ke ili pririgardu ĝiajn versojn kaj por ke la prudentuloj pripensu.

31. Ni donis al David Salomonon, bonegan servanton de Dio; vere li ofte turnis sin (al Ni).

32. Kiam estis alkondukitaj al li vespere rapidaj rajdĉevaloj,

33. li diris: "Vere mi amas la bonajn aĵojn, memorante mian Sinjoron" – ĝis ili estis malantaŭ kurteno (el polvo).

34. "Rekonduku ilin al mi (tiujn ĉevalojn)! " kaj li karesis iliajn krurojn kaj kolojn.

وَإِنَّ كَثِيرًا مِّنَ الْخُلَطَاءِ لَيَبْغِي بَعْضُهُمْ عَلَىٰ بَعْضٍ
إِلَّا الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ وَقَلِيلٌ مَّا هُمْ
وَظَنَّ دَاوُودُ أَنَّمَا فَتَنَّاهُ فَاسْتَغْفَرَ رَبَّهُ وَخَرَّ رَاكِعًا
وَأَنَابَ ۩ ٢٥

فَغَفَرْنَا لَهُ ذَٰلِكَ وَإِنَّ لَهُ عِندَنَا لَزُلْفَىٰ وَحُسْنَ
مَآبٍ ٢٦

يَا دَاوُودُ إِنَّا جَعَلْنَاكَ خَلِيفَةً فِي الْأَرْضِ فَاحْكُم
بَيْنَ النَّاسِ بِالْحَقِّ وَلَا تَتَّبِعِ الْهَوَىٰ فَيُضِلَّكَ
عَن سَبِيلِ اللَّهِ إِنَّ الَّذِينَ يَضِلُّونَ عَن سَبِيلِ
اللَّهِ لَهُمْ عَذَابٌ شَدِيدٌ بِمَا نَسُوا يَوْمَ الْحِسَابِ ٢٧

وَمَا خَلَقْنَا السَّمَاءَ وَالْأَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَا بَاطِلًا
ذَٰلِكَ ظَنُّ الَّذِينَ كَفَرُوا فَوَيْلٌ لِّلَّذِينَ كَفَرُوا
مِنَ النَّارِ ٢٨

أَمْ نَجْعَلُ الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ كَالْمُفْسِدِينَ
فِي الْأَرْضِ أَمْ نَجْعَلُ الْمُتَّقِينَ كَالْفُجَّارِ ٢٩

كِتَابٌ أَنزَلْنَاهُ إِلَيْكَ مُبَارَكٌ لِّيَدَّبَّرُوا آيَاتِهِ وَ
لِيَتَذَكَّرَ أُولُو الْأَلْبَابِ ٣٠

وَوَهَبْنَا لِدَاوُودَ سُلَيْمَانَ نِعْمَ الْعَبْدُ إِنَّهُ
أَوَّابٌ ٣١

إِذْ عُرِضَ عَلَيْهِ بِالْعَشِيِّ الصَّافِنَاتُ الْجِيَادُ ٣٢

فَقَالَ إِنِّي أَحْبَبْتُ حُبَّ الْخَيْرِ عَن ذِكْرِ رَبِّي
حَتَّىٰ تَوَارَتْ بِالْحِجَابِ ٣٣

35. Vere Ni elprovis Salomonon kaj metis fantomon sur lian tronon. Poste li pentis,

36. kaj diris: "Mia Sinjoro, pardonu al mi, kaj konsentu al mi suverenecon, kiel ne konvenas al iu ajn post mi. Vi vere estas la Donacanto".

37. Tiam Ni igis la venton servi lin, tiel ke ĝi blovis dolĉe laŭ lia ordono, kien ajn li direktis ĝin,

38. kaj ĉiujn Satanojn, la konstruistojn kaj la subakviĝistojn,

39. kaj aliajn, ligitajn unu kun la alia per ĉenoj.

40. "Jen Nia donaco – ĉu Ni malavare disdonas, ĉu Ni retenas – sen limigo".

41. Kaj li certe havis aliron al Ni kaj bonegan restadejon.

42. Memoru Nian servanton Ijob, kiam li kriis al sia Sinjoro: "Satano trafis min per aflikto kaj turmento".

43. "Frapu la teron per via piedo, tie estas freŝa akvo por lavi kaj por trinki".

44. Ni redonis al li lian familion, kaj ankoraŭfoje la samon, kiel favoron de Ni kaj kiel admonon por la prudentuloj,

45. kaj: "Prenu en vian manon branĉfaskon kaj batu vin mem per ĝi kaj ne peku! ". Ni vere trovis lin pacienca. Bonega servanto: li vere turnis sin al Dio.

46. Memoru ankaŭ Niajn servantojn Abraham kaj Isaak kaj Jakob; ili estis viroj fortaj kaj antaŭvidantaj.

47. Ni vere elektis ilin por certa celo, kiel memorigaĵon pri la Hejmo.

رُدُّوهَا عَلَيَّ فَطَفِقَ مَسْحًا بِالسُّوقِ وَالْأَعْنَاقِ ۝٣٣
وَلَقَدْ فَتَنَّا سُلَيْمَٰنَ وَأَلْقَيْنَا عَلَىٰ كُرْسِيِّهِۦ
جَسَدًا ثُمَّ أَنَابَ ۝٣٤
قَالَ رَبِّ اغْفِرْ لِي وَهَبْ لِي مُلْكًا لَّا يَنۢبَغِي لِأَحَدٍ
مِّنۢ بَعْدِيٓ إِنَّكَ أَنتَ الْوَهَّابُ ۝٣٥
فَسَخَّرْنَا لَهُ الرِّيحَ تَجْرِي بِأَمْرِهِۦ رُخَآءً حَيْثُ
أَصَابَ ۝٣٦
وَالشَّيَٰطِينَ كُلَّ بَنَّآءٍ وَغَوَّاصٍ ۝٣٧
وَءَاخَرِينَ مُقَرَّنِينَ فِي الْأَصْفَادِ ۝٣٨
هَٰذَا عَطَآؤُنَا فَامْنُنْ أَوْ أَمْسِكْ بِغَيْرِ حِسَابٍ ۝٣٩
ع وَإِنَّ لَهُ عِندَنَا لَزُلْفَىٰ وَحُسْنَ مَـَٔابٍ ۝٤٠
وَاذْكُرْ عَبْدَنَآ أَيُّوبَ إِذْ نَادَىٰ رَبَّهُۥٓ أَنِّي مَسَّنِيَ
الشَّيْطَٰنُ بِنُصْبٍ وَعَذَابٍ ۝٤١
ارْكُضْ بِرِجْلِكَ هَٰذَا مُغْتَسَلٌۢ بَارِدٌ وَشَرَابٌ ۝٤٢
وَوَهَبْنَا لَهُۥٓ أَهْلَهُۥ وَمِثْلَهُم مَّعَهُمْ رَحْمَةً مِّنَّا
وَذِكْرَىٰ لِأُولِي الْأَلْبَٰبِ ۝٤٣
وَخُذْ بِيَدِكَ ضِغْثًا فَاضْرِب بِّهِۦ وَلَا تَحْنَثْ
إِنَّا وَجَدْنَٰهُ صَابِرًا نِّعْمَ الْعَبْدُ إِنَّهُۥٓ أَوَّابٌ ۝٤٤
وَاذْكُرْ عِبَٰدَنَآ إِبْرَٰهِيمَ وَإِسْحَٰقَ وَيَعْقُوبَ أُولِي
الْأَيْدِي وَالْأَبْصَٰرِ ۝٤٥
إِنَّآ أَخْلَصْنَٰهُم بِخَالِصَةٍ ذِكْرَى الدَّارِ ۝٤٦
وَإِنَّهُمْ عِندَنَا لَمِنَ الْمُصْطَفَيْنَ الْأَخْيَارِ ۝٤٧

48. Vere antaŭ Ni ili estis elektitoj, bonuloj.

49. Memoru ankaŭ Iŝmaelon kaj Jesajan kaj Zul-Kifl*. Ili ĉiuj estis bonuloj.

50. Ĉi tio estas admono: por la justuloj certe estos belega restadejo,

51. ĝardenoj de ĉiama feliĉo; ties pordoj estos malfermitaj;

52. tie ili ripozos kuŝante, kaj tie ili petos abundajn fruktojn por manĝi, kaj trinkaĵojn.

53. Apud ili estos ĉastulinoj, samaĝulinoj.

54. Tio vere estas, kio estis promesita al vi por la tago de la juĝo.

55. Vere tiu estas Nia provizaĵo, ĝi neniam elĉerpiĝos.

56. Tio estos por la kredantoj, sed por la ekscesantoj estos tre malbona restadejo,

57. la Infero, en kiun ili iros: kiel malbona ejo!

58. Tio estos por la miskredantoj. Ili gustumu ĝin: bolanta akvo kaj malbonodora malvarmega fluaĵo

59. kaj aliaj similaj turmentoj.

60. Estos dirite al ili: "Ĉi tiu estas grupo, kiu estos enĵetita kun vi en la Inferon, neniu bonveno estos por ili, ili vere eniros en la fajron".

61. Ili diros: "Ne, tio estas por vi. Por vi ne estos bonveno. Estas vi tiuj, kiuj pretigis ĉi tion por ni. Ho kiel malbona loko! ".

62. Ili krome diros: "Nia Sinjoro, kiu ajn pretigis ĉi tion por ni, al tiu donu duoblan punon en la fajro! "

* Jeĥezkelon

وَاذْكُرْ إِسْمٰعِيلَ وَالْيَسَعَ وَذَا الْكِفْلِ ۖ وَكُلٌّ مِّنَ
الْأَخْيَارِ (٤٩)
هٰذَا ذِكْرٌ ۚ وَإِنَّ لِلْمُتَّقِينَ لَحُسْنَ مَآبٍ (٥٠)
جَنّٰتِ عَدْنٍ مُّفَتَّحَةً لَّهُمُ الْأَبْوَابُ (٥١)
مُتَّكِـِٔينَ فِيهَا يَدْعُونَ فِيهَا بِفٰكِهَةٍ كَثِيرَةٍ
وَّشَرَابٍ (٥٢)
وَعِنْدَهُمْ قٰصِرٰتُ الطَّرْفِ أَتْرَابٌ (٥٣)
هٰذَا مَا تُوعَدُونَ لِيَوْمِ الْحِسَابِ (٥٤)
إِنَّ هٰذَا لَرِزْقُنَا مَا لَهُ مِنْ نَّفَادٍ (٥٥)
هٰذَا ۚ وَإِنَّ لِلطّٰغِينَ لَشَرَّ مَآبٍ (٥٦)
جَهَنَّمَ ۚ يَصْلَوْنَهَا ۚ فَبِئْسَ الْمِهَادُ (٥٧)
هٰذَا ۙ فَلْيَذُوقُوهُ حَمِيمٌ وَّغَسَّاقٌ (٥٨)
وَّاٰخَرُ مِنْ شَكْلِهِ أَزْوَاجٌ (٥٩)
هٰذَا فَوْجٌ مُّقْتَحِمٌ مَّعَكُمْ ۚ لَا مَرْحَبًا بِهِمْ ۚ إِنَّهُمْ
صَالُوا النَّارِ (٦٠)
قَالُوا بَلْ أَنْتُمْ ۖ لَا مَرْحَبًا بِكُمْ ۖ أَنْتُمْ قَدَّمْتُمُوهُ
لَنَا ۚ فَبِئْسَ الْقَرَارُ (٦١)
قَالُوا رَبَّنَا مَنْ قَدَّمَ لَنَا هٰذَا فَزِدْهُ عَذَابًا ضِعْفًا
فِي النَّارِ (٦٢)
وَقَالُوا مَا لَنَا لَا نَرٰى رِجَالًا كُنَّا نَعُدُّهُمْ مِّنَ
الْأَشْرَارِ (٦٣)
أَتَّخَذْنٰهُمْ سِخْرِيًّا أَمْ زَاغَتْ عَنْهُمُ الْأَبْصَارُ (٦٤)

63. kaj ili diros: ”Kio okazas al ni, ke ni ne vidas (ĉi tie) la homojn, kiujn ni rigardis kiel malbonajn?

64. Ĉu ni ilin eble maljuste mokis, aŭ ĉu eble niaj okuloj pretervidis ilin? ”.

65. Vere tio estas fakto — la disputo de la loĝantoj de l' fajro.

66. Diru: ”Mi vere estas nur admonanto, kaj ne ekzistas alia Dio ol Allah, la Ununura, la Suverena,

67. la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ, la Ĉiopova, la Senkulpigema”.

68. Diru: ”Jen granda novaĵo,

69. sed vi turnas vin for de ĝi!

70. Mi havis nenian scion pri la eminentaj anĝeloj, pri kio ili parolas.

71. Al mi estis revelaciite nur, ke mi estas klariga admonanto”.

72. Kiam diris via Sinjoro al la anĝeloj: ”Mi vere kreos homon el argilo,

73. kaj kiam Mi estos forminta lin kaj blovinta en lin Mian spiriton, tiam vi terenkuŝiĝu kaj submetiĝu al li”,

74. tiam ĉiuj anĝeloj submetiĝis,

75. krom Iblīs. Li fariĝis fierega kaj jam estis miskredanto.

76. Li diris: ”Ho Iblīs, kio malhelpis vin submetiĝi al tiu, kiun Mi kreis per Miaj manoj? Ĉu vi estas fierega, aŭ ĉu vi estas eminentulo? ”.

77. Li respondis: ”Mi estas supera al li. Vi kreis min el fajro kaj lin el argilo”.

إِنَّ ذٰلِكَ لَحَقٌّ تَخَاصُمُ أَهْلِ النَّارِ ﴿٦٥﴾
قُلْ إِنَّمَآ أَنَا مُنْذِرٌ ۖ وَّمَا مِنْ إِلٰهٍ إِلَّا اللّٰهُ
الْوَاحِدُ الْقَهَّارُ ﴿٦٦﴾
رَبُّ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَا الْعَزِيْزُ
الْغَفَّارُ ﴿٦٧﴾
قُلْ هُوَ نَبَؤٌا عَظِيْمٌ ﴿٦٨﴾
أَنْتُمْ عَنْهُ مُعْرِضُوْنَ ﴿٦٩﴾
مَا كَانَ لِيَ مِنْ عِلْمٍ بِالْمَلَإِ الْأَعْلٰٓى إِذْ يَخْتَصِمُوْنَ ﴿٧٠﴾
إِنْ يُّوْحٰٓى إِلَيَّ إِلَّآ أَنَّمَآ أَنَا نَذِيْرٌ مُّبِيْنٌ ﴿٧١﴾
إِذْ قَالَ رَبُّكَ لِلْمَلٰٓئِكَةِ إِنِّيْ خَالِقٌ بَشَرًا مِّنْ طِيْنٍ ﴿٧٢﴾
فَإِذَا سَوَّيْتُهٗ وَنَفَخْتُ فِيْهِ مِنْ رُّوْحِيْ فَقَعُوْا لَهٗ
سٰجِدِيْنَ ﴿٧٣﴾
فَسَجَدَ الْمَلٰٓئِكَةُ كُلُّهُمْ أَجْمَعُوْنَ ﴿٧٤﴾
إِلَّآ إِبْلِيْسَ ۗ اِسْتَكْبَرَ وَكَانَ مِنَ الْكٰفِرِيْنَ ﴿٧٥﴾
قَالَ يٰٓإِبْلِيْسُ مَا مَنَعَكَ أَنْ تَسْجُدَ لِمَا خَلَقْتُ
بِيَدَيَّ ۗ أَسْتَكْبَرْتَ أَمْ كُنْتَ مِنَ الْعَالِيْنَ ﴿٧٦﴾
قَالَ أَنَا خَيْرٌ مِّنْهُ ۗ خَلَقْتَنِيْ مِنْ نَّارٍ وَّخَلَقْتَهٗ
مِنْ طِيْنٍ ﴿٧٧﴾
قَالَ فَاخْرُجْ مِنْهَا فَإِنَّكَ رَجِيْمٌ ﴿٧٨﴾
وَّإِنَّ عَلَيْكَ لَعْنَتِيْٓ إِلٰى يَوْمِ الدِّيْنِ ﴿٧٩﴾
قَالَ رَبِّ فَأَنْظِرْنِيْٓ إِلٰى يَوْمِ يُبْعَثُوْنَ ﴿٨٠﴾
قَالَ فَإِنَّكَ مِنَ الْمُنْظَرِيْنَ ﴿٨١﴾

78. Li diris: "Eliru el ĉi tie, vi estu forpelita;

79. sur vin malsupreniru Mia malbeno ĝis la tago de la lasta Juĝo".

80. Li diris: "Ho mia Sinjoro, konsentu al mi prokraston ĝis la tago, en kiu ili estos revekitaj".

81. Li respondis: "Jen, al vi estu konsentita prokrasto

82. ĝis la tago de la difinita tempo".

83. Li diris: "Per Via povo! Mi certe delogos ilin ĉiujn

84. krom Viaj elektitaj servantoj inter ili! ".

85. Dio diris: "Tio estas la vero kaj Mi diras la veron,

86. ke Mi plenigos la Inferon per vi kaj per ĉiuj tiuj el ili, kiuj sekvos vin".

87. Diru: "Mi ne volas de vi iun ajn rekompencon, kaj mi ne estas hipokritulo,

88. tio ĉi* estas nur admono por la nacioj.

89. kaj vi certe komprenos ĝian signifon post iom da tempo".

إِلَىٰ يَوْمِ الْوَقْتِ الْمَعْلُومِ ﴿٨٢﴾
قَالَ فَبِعِزَّتِكَ لَأُغْوِيَنَّهُمْ أَجْمَعِينَ ﴿٨٣﴾
إِلَّا عِبَادَكَ مِنْهُمُ الْمُخْلَصِينَ ﴿٨٤﴾
قَالَ فَالْحَقُّ وَالْحَقَّ أَقُولُ ﴿٨٥﴾
لَأَمْلَأَنَّ جَهَنَّمَ مِنْكَ وَمِمَّنْ تَبِعَكَ مِنْهُمْ
أَجْمَعِينَ ﴿٨٦﴾
قُلْ مَا أَسْأَلُكُمْ عَلَيْهِ مِنْ أَجْرٍ وَمَا أَنَا مِنَ الْمُتَكَلِّفِينَ ﴿٨٧﴾
إِنْ هُوَ إِلَّا ذِكْرٌ لِلْعَالَمِينَ ﴿٨٨﴾
وَلَتَعْلَمُنَّ نَبَأَهُ بَعْدَ حِينٍ ﴿٨٩﴾

* la Korano




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. La revelacio de la Libro venas de Allah, la Ĉiopova, la Saĝa.

3. Vere Ni sendis al vi la Libron kun la vero, do adoru Allahon en perfekta obeemo.

4. Certe al Allah apartenas la perfekta obeemo kaj tiuj, kiuj prenas al si aliajn protektantojn anstataŭ Lin, diras: "Ni adoras ilin nur, por ke ili alproksimigu nin al Allah". Certe Allah juĝos inter ili, pri kio ili malkonsentis. Allah vere ne gvidas tiun, kiu estas mensogema, sendanka.

5. Se Allah estus volinta preni al Si filon, ĉu Li ne elektus, kiun Li volis el ĉiuj kreitaĵoj? Sankta Li estas! Li estas Allah, la Ununura, la Suverena.

6. Li kreis la ĉielojn kaj la teron en vero, Li faldas la nokton sur la tagon kaj Li faldas la tagon sur la nokton kaj Li faris la sunon kaj la lunon utilaj; ĉiu el ili iras sian vojon al difinita celo. Li sola estas la Ĉiopova, la Senkulpigema.

7. Li kreis vin el unu homo, poste Li formis el li lian edzinon, Li ankaŭ sendis por vi el la bestaro ok parojn. Li kreas vin en la uteroj de viaj patrinoj, kreon post kreo, en triobla mallumego. Tiu estas Allah, via Sinjoro, al Li apartenas la suvereneco. Ne ekzistas alia Dio ol Li. Kiel vi do turnis vin for?

8. Eĉ se vi miskredas, Allah estas sendependa de vi, sed al Li ne plaĉas la miskredo de

* v. la verson 72an

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
تَنْزِيْلُ الْكِتٰبِ مِنَ اللّٰهِ الْعَزِيْزِ الْحَكِيْمِ (٢)
اِنَّآ اَنْزَلْنَآ اِلَيْكَ الْكِتٰبَ بِالْحَقِّ فَاعْبُدِ اللّٰهَ مُخْلِصًا
لَّهُ الدِّيْنَ (٣)
اَلَا لِلّٰهِ الدِّيْنُ الْخَالِصُ ۗ وَالَّذِيْنَ اتَّخَذُوْا مِنْ
دُوْنِهٖٓ اَوْلِيَآءَ ۘ مَا نَعْبُدُهُمْ اِلَّا لِيُقَرِّبُوْنَآ اِلَى
اللّٰهِ زُلْفٰى ۗ اِنَّ اللّٰهَ يَحْكُمُ بَيْنَهُمْ فِيْ مَا هُمْ فِيْهِ
يَخْتَلِفُوْنَ ۗ اِنَّ اللّٰهَ لَا يَهْدِيْ مَنْ هُوَ كٰذِبٌ
كَفَّارٌ (٤)
لَوْ اَرَادَ اللّٰهُ اَنْ يَّتَّخِذَ وَلَدًا لَّاصْطَفٰى مِمَّا يَخْلُقُ
مَا يَشَآءُ ۙ سُبْحٰنَهٗ ۗ هُوَ اللّٰهُ الْوَاحِدُ الْقَهَّارُ (٥)
خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ بِالْحَقِّ ۚ يُكَوِّرُ الَّيْلَ عَلَى
النَّهَارِ وَيُكَوِّرُ النَّهَارَ عَلَى الَّيْلِ وَسَخَّرَ الشَّمْسَ وَ
الْقَمَرَ ۗ كُلٌّ يَّجْرِيْ لِاَجَلٍ مُّسَمًّى ۗ اَلَا هُوَ الْعَزِيْزُ
الْغَفَّارُ (٦)
خَلَقَكُمْ مِّنْ نَّفْسٍ وَّاحِدَةٍ ثُمَّ جَعَلَ مِنْهَا زَوْجَهَا
وَاَنْزَلَ لَكُمْ مِّنَ الْاَنْعَامِ ثَمٰنِيَةَ اَزْوَاجٍ ۗ يَخْلُقُكُمْ
فِيْ بُطُوْنِ اُمَّهٰتِكُمْ خَلْقًا مِّنْۢ بَعْدِ خَلْقٍ فِيْ
ظُلُمٰتٍ ثَلٰثٍ ۗ ذٰلِكُمُ اللّٰهُ رَبُّكُمْ لَهُ الْمُلْكُ ۗ لَآ اِلٰهَ

Liaj servantoj. Se vi tamen estas dankaj, tio plaĉas pri vi al Li. Neniu ŝarĝita animo povas porti la ŝarĝon de alia. Poste vi revenos al via Sinjoro kaj Li anoncos al vi, kion vi kutimis fari. Vere Li scias, kio estas en la interno de la brustoj.

9. Kiam malfeliĉo trafas la homon, li alvokas sian Sinjoron, sin turnante al Li, poste, kiam estas donita al li iu favoro, li forgesas tion, kion li petis antaŭe, kaj aldonas rivalojn al Allah por devojigi la homojn for de Lia afero. Diru: "Ĝuu do vian miskredon por mallonga tempo! Vere vi estos unu el la loĝantoj de l' fajro".

10. Ĉu estas tiu, kiu preĝas en la horoj de la nokto, terkuŝante kaj starante, kiu timas la vivon venontan kaj esperas je la kompato de sia Sinjoro, egala al iu malobeemulo? Diru: "Ĉu estas tiuj, kiuj scias, egalaj al tiuj, kiuj ne scias? ". Vere nur la prudentuloj estas admoneblaj.

11. Diru: "Ho vi, servantoj, kredantoj, respektegu vian Sinjoron! Por tiuj, kiuj bonfaras en ĉi tiu vivo, estos bona sorto. Vasta estas la tero de Allah. Vere al la persistemuloj estos donita ilia rekompenco sen limigo.

12. Diru: "Al mi vere estis ordonite adori Allahon en perfekta obeado al Li,

13. kaj al mi estis ordonite esti la unua submetiĝinto".

14. Diru: "Mi vere timas la punon de la terura tago, se mi malobeus mian Sinjoron".

15. Diru: "Estas Allah Tiu, kiun mi adoras en perfekta obeado al Li,

16. tamen vi adoru, kion ajn vi volas, anstataŭ Lin". Diru: "Vere, la malgajnantoj estos tiuj, kiuj pereigos sin mem kaj siajn familiojn en la tago de la reviviĝo". Gardu vin de tio! Tio estas evidenta malgajno!

إِلَّا هُوَ ۖ فَأَنَّىٰ تُصْرَفُونَ ⑦
إِن تَكْفُرُوا فَإِنَّ اللَّهَ غَنِيٌّ عَنكُمْ ۖ وَلَا يَرْضَىٰ لِعِبَادِهِ
الْكُفْرَ ۖ وَإِن تَشْكُرُوا يَرْضَهُ لَكُمْ ۗ وَلَا تَزِرُ وَازِرَةٌ
وِزْرَ أُخْرَىٰ ۗ ثُمَّ إِلَىٰ رَبِّكُم مَّرْجِعُكُمْ فَيُنَبِّئُكُم
بِمَا كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ۚ إِنَّهُ عَلِيمٌ بِذَاتِ الصُّدُورِ ⑧
وَإِذَا مَسَّ الْإِنسَانَ ضُرٌّ دَعَا رَبَّهُ مُنِيبًا إِلَيْهِ
ثُمَّ إِذَا خَوَّلَهُ نِعْمَةً مِّنْهُ نَسِيَ مَا كَانَ يَدْعُو
إِلَيْهِ مِن قَبْلُ وَجَعَلَ لِلَّهِ أَندَادًا لِّيُضِلَّ عَن
سَبِيلِهِ ۚ قُلْ تَمَتَّعْ بِكُفْرِكَ قَلِيلًا ۖ إِنَّكَ مِنْ أَصْحَابِ
النَّارِ ⑨
أَمَّنْ هُوَ قَانِتٌ آنَاءَ اللَّيْلِ سَاجِدًا وَقَائِمًا يَحْذَرُ
الْآخِرَةَ وَيَرْجُو رَحْمَةَ رَبِّهِ ۗ قُلْ هَلْ يَسْتَوِي
الَّذِينَ يَعْلَمُونَ وَالَّذِينَ لَا يَعْلَمُونَ ۗ إِنَّمَا يَتَذَكَّرُ
أُولُو الْأَلْبَابِ ⑩
قُلْ يَا عِبَادِ الَّذِينَ آمَنُوا اتَّقُوا رَبَّكُمْ ۚ لِلَّذِينَ أَحْسَنُوا
فِي هَٰذِهِ الدُّنْيَا حَسَنَةٌ ۗ وَأَرْضُ اللَّهِ وَاسِعَةٌ ۗ
إِنَّمَا يُوَفَّى الصَّابِرُونَ أَجْرَهُم بِغَيْرِ حِسَابٍ ⑪
قُلْ إِنِّي أُمِرْتُ أَنْ أَعْبُدَ اللَّهَ مُخْلِصًا لَّهُ الدِّينَ ⑫
وَأُمِرْتُ لِأَنْ أَكُونَ أَوَّلَ الْمُسْلِمِينَ ⑬
قُلْ إِنِّي أَخَافُ إِنْ عَصَيْتُ رَبِّي عَذَابَ يَوْمٍ
عَظِيمٍ ⑭
قُلِ اللَّهَ أَعْبُدُ مُخْلِصًا لَّهُ دِينِي ⑮

17. Ili havos sur si tavolojn de fajro kaj sub si aliajn tavolojn de fajro. Tio estas la ilo, per kiu Allah admonas Siajn servantojn: "Ho servantoj! Prenu Min kiel protektanton! ".

18. Por tiuj tamen, kiuj rifuzas adori la idolojn kaj turnas sin al Allah, estas la bona novaĵo. Donu do la bonan novaĵon al Miaj servantoj,

19. kiuj aŭskultas la vortojn kaj sekvas la plej bonan el ili. Estas ili tiuj, al kiuj Allah montris la vojon kaj kiuj estas prudentaj.

20. Ĉu povas esti savita tiu, kontraŭ kiu estas eldirita la verdikto? Ĉu eble vi povas savi tiun, kiu jam estas en la fajro?

21. Por tiuj tamen, kiuj respektegas sian Sinjoron, estos palacoj super ili, konstruitaj super aliaj palacoj, sub kiuj fluas riveroj. Tio estas la promeso de Allah: Allah ne rompas Sian promeson.

22. Ĉu vi ne vidas, ke Allah sendas la akvon de la nuboj kaj igas ĝin penetri en la teron, poste Li kreskigas el ĝi herbojn, diverskolorajn, poste Li maturigas ilin kaj vi vidas ilin flaviĝi, poste Li igas ilin disrompiĝi en pecojn? Vere en tio estas admono por la prudentuloj.

23. Ĉu do estas tiu, al kiu Allah tiel larĝigis la bruston por la Islamo, ke li ricevas la lumon de sia Sinjoro, egala al miskredanto? Ve do al tiuj, kies koroj malmoliĝis kontraŭ la memoro de Allah! Estas ili tiuj, kiuj troviĝas en evidenta eraro.

24. Allah sendis la plej belan senditaĵon, Libron en akordo kun aliaj, ofte legata, antaŭ kiu frostiĝas la haŭto de tiuj, kiuj respektegas sian Sinjoron, poste moliĝas ilia haŭto kaj iliaj koroj, memorante Allahon. Tiu ĉi estas la gvidilo de Allah: Li gvidas per ĝi, kiun Li volas. Por tiu, kiun Allah lasas erari, ne ekzistas gvidanto.

فَاعْبُدُوْا مَا شِئْتُمْ مِّنْ دُوْنِهٖ ۗ قُلْ اِنَّ الْخٰسِرِيْنَ
الَّذِيْنَ خَسِرُوْٓا اَنْفُسَهُمْ وَاَهْلِيْهِمْ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ ۗ
اَلَا ذٰلِكَ هُوَ الْخُسْرَانُ الْمُبِيْنُ ﴿١٦﴾
لَهُمْ مِّنْ فَوْقِهِمْ ظُلَلٌ مِّنَ النَّارِ وَمِنْ تَحْتِهِمْ
ظُلَلٌ ۗ ذٰلِكَ يُخَوِّفُ اللّٰهُ بِهٖ عِبَادَهٗ ۗ يٰعِبَادِ فَاتَّقُوْنِ ﴿١٧﴾
وَالَّذِيْنَ اجْتَنَبُوا الطَّاغُوْتَ اَنْ يَّعْبُدُوْهَا وَاَنَابُوْٓا
اِلَى اللّٰهِ لَهُمُ الْبُشْرٰى ۚ فَبَشِّرْ عِبَادِ ﴿١٨﴾
الَّذِيْنَ يَسْتَمِعُوْنَ الْقَوْلَ فَيَتَّبِعُوْنَ اَحْسَنَهٗ ۗ اُولٰٓئِكَ
الَّذِيْنَ هَدٰىهُمُ اللّٰهُ وَاُولٰٓئِكَ هُمْ اُولُوا الْاَلْبَابِ ﴿١٩﴾
اَفَمَنْ حَقَّ عَلَيْهِ كَلِمَةُ الْعَذَابِ ۗ اَفَاَنْتَ تُنْقِذُ
مَنْ فِى النَّارِ ﴿٢٠﴾
لٰكِنِ الَّذِيْنَ اتَّقَوْا رَبَّهُمْ لَهُمْ غُرَفٌ مِّنْ فَوْقِهَا
غُرَفٌ مَّبْنِيَّةٌ ۙ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ ۗ وَعْدَ
اللّٰهِ ۗ لَا يُخْلِفُ اللّٰهُ الْمِيْعَادَ ﴿٢١﴾
اَلَمْ تَرَ اَنَّ اللّٰهَ اَنْزَلَ مِنَ السَّمَآءِ مَآءً فَسَلَكَهٗ
يَنَابِيْعَ فِى الْاَرْضِ ثُمَّ يُخْرِجُ بِهٖ زَرْعًا مُّخْتَلِفًا
اَلْوَانُهٗ ثُمَّ يَهِيْجُ فَتَرٰىهُ مُصْفَرًّا ثُمَّ يَجْعَلُهٗ
حُطَامًا ۗ اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَذِكْرٰى لِاُولِى الْاَلْبَابِ ﴿٢٢﴾
اَفَمَنْ شَرَحَ اللّٰهُ صَدْرَهٗ لِلْاِسْلَامِ فَهُوَ عَلٰى نُوْرٍ
مِّنْ رَّبِّهٖ ۗ فَوَيْلٌ لِّلْقٰسِيَةِ قُلُوْبُهُمْ مِّنْ ذِكْرِ اللّٰهِ ۗ
اُولٰٓئِكَ فِيْ ضَلٰلٍ مُّبِيْنٍ ﴿٢٣﴾
اَللّٰهُ نَزَّلَ اَحْسَنَ الْحَدِيْثِ كِتٰبًا مُّتَشَابِهًا مَّثَانِيَ

25. Ĉu tiu, kiu serĉas rifuĝejon por sia vizaĝo kontraŭ la terura turmento en la tago de la reviviĝo, egalas al tiu, kiu estas sekura? Al la malpieguloj estos dirite: "Gustumu nun, kion vi meritis".

26. Kutimis negi ankaŭ tiuj, kiuj estis antaŭ ili, tiam venis sur ilin la puno el tie, el kie ili ne imagis.

27. Allah gustumigis al ili la honton en ĉi tiu vivo, sed la puno en la vivo venonta estos eĉ pli granda. Se ili nur scius!

28. Ni donis en ĉi tiu Korano ĉiuspecajn similaĵojn por la homaro, por ke ili estu admonitaj.

29. Korano araba, sen iu ajn malrekteco, por ke ili fariĝu justuloj.

30. Allah donas similaĵon: viro, kiu sekvas plurajn majstrojn, kiuj estas reciproke malamikoj, kaj viro, kiu sekvas nur unu majstron: ĉu la du egalas? Estu laŭdegata Allah! Ne! La plej multaj el ili ne scias tion.

31. Vere vi estas mortema kaj ili vere estas mortemaj.

32. Poste, en la tago de la reviviĝo, vi disputos unu kun la alia antaŭ via Sinjoro.

*

Fino de la 23-a parto

33. Kiu do estas pli malpia ol tiu, kiu mensogas kontraŭ Allah, aŭ negas la veron, kiam ĝi venas al li? Ĉu ne estas la Infero taŭga loĝejo por la miskredantoj?

34. Tiu, kiu venas kun la vero, kaj tiu, kiu certigas ĝin: tiuj estas la justuloj.

تَقْشَعِرُّ مِنْهُ جُلُودُ الَّذِينَ يَخْشَوْنَ رَبَّهُمْ ثُمَّ تَلِينُ
جُلُودُهُمْ وَقُلُوبُهُمْ إِلَىٰ ذِكْرِ اللَّهِ ذَٰلِكَ هُدَى
اللَّهِ يَهْدِي بِهِ مَنْ يَشَاءُ وَمَنْ يُضْلِلِ اللَّهُ
فَمَا لَهُ مِنْ هَادٍ ﴿٢٤﴾
أَفَمَنْ يَتَّقِي بِوَجْهِهِ سُوءَ الْعَذَابِ يَوْمَ الْقِيَامَةِ
وَقِيلَ لِلظَّالِمِينَ ذُوقُوا مَا كُنْتُمْ تَكْسِبُونَ ﴿٢٥﴾
كَذَّبَ الَّذِينَ مِنْ قَبْلِهِمْ فَأَتَاهُمُ الْعَذَابُ
مِنْ حَيْثُ لَا يَشْعُرُونَ ﴿٢٦﴾
فَأَذَاقَهُمُ اللَّهُ الْخِزْيَ فِي الْحَيَاةِ الدُّنْيَا وَ
لَعَذَابُ الْآخِرَةِ أَكْبَرُ لَوْ كَانُوا يَعْلَمُونَ ﴿٢٧﴾
وَلَقَدْ ضَرَبْنَا لِلنَّاسِ فِي هَٰذَا الْقُرْآنِ مِنْ
كُلِّ مَثَلٍ لَعَلَّهُمْ يَتَذَكَّرُونَ ﴿٢٨﴾
قُرْآنًا عَرَبِيًّا غَيْرَ ذِي عِوَجٍ لَعَلَّهُمْ يَتَّقُونَ ﴿٢٩﴾
ضَرَبَ اللَّهُ مَثَلًا رَجُلًا فِيهِ شُرَكَاءُ مُتَشَاكِسُونَ
وَرَجُلًا سَلَمًا لِرَجُلٍ هَلْ يَسْتَوِيَانِ مَثَلًا الْحَمْدُ
لِلَّهِ بَلْ أَكْثَرُهُمْ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٣٠﴾
إِنَّكَ مَيِّتٌ وَإِنَّهُمْ مَيِّتُونَ ﴿٣١﴾
ثُمَّ إِنَّكُمْ يَوْمَ الْقِيَامَةِ عِنْدَ رَبِّكُمْ تَخْتَصِمُونَ ﴿٣٢﴾ الجزء ٢٤
فَمَنْ أَظْلَمُ مِمَّنْ كَذَبَ عَلَى اللَّهِ وَكَذَّبَ
بِالصِّدْقِ إِذْ جَاءَهُ أَلَيْسَ فِي جَهَنَّمَ مَثْوًى
لِلْكَافِرِينَ ﴿٣٣﴾
وَالَّذِي جَاءَ بِالصِّدْقِ وَصَدَّقَ بِهِ أُولَٰئِكَ هُمُ

35. Ili posedos apud sia Sinjoro ĉion, kion ili volos. Tio estos la rekompenco por la bonfarantoj:

36. ke Allah forprenos de ili la plej malbonajn agojn, kiujn ili plenumis, kaj Li rekompencos ilin laŭ la plej bonaj el iliaj agoj.

37. Ĉu ne sufiĉas Allah por Sia servanto? Ili provos timigi vin per tiuj, al kiuj ili preĝas apud Li. Por tiu, kiun Allah lasas erari, ne ekzistas gvidanto,

38. kaj por tiu, kiun Allah gvidas, ne estas iu ajn, kiu kapablas erarigi lin. Ĉu ne estas Allah ĉiopova, la Majstro de la repago?

39. Se vi demandas ilin: "Kiu kreis la ĉielojn kaj la teron? " ili diros: "Allah! ". Diru: "Ĉu vi scias, kion vi alvokas anstataŭ Lin? Se Allah ordonas malfeliĉon por mi, ĉu ili sukcesus forigi ĝian malutilon? Se Li ordonas kompaton por mi, ĉu ili sukcesus malhelpi Lian kompaton? ". Diru: "Allah sufiĉas por mi, je Li fidas la fidantoj".

40. Diru: "Ho mia popolo! Agu kiel vi povas, ankaŭ mi agas. Baldaŭ vi ekscios,

41. sur kiun malsupreniros la puno, kiu hontigos lin, kaj sur kiun malsupreniros la puno porĉiama".

42. Vere Ni sendis al vi la Libron kun la vero por la homaro. Kiu estas sur la rekta vojo estas sur ĝi por si mem, kaj kiu eraras, tiu eraras kontraŭ si mem, kaj vi ne estas gardanto super ili.

43. Allah forprenas la animojn de la homoj en la tempo de ilia morto kaj ankaŭ tiujn de la vivantoj dum ilia dormo. Tiam Li haltigas tiujn, por kiuj la morto estas decidita, kaj Li resendas la aliajn ĝis difinita limtempo. Vere en tio estas signo por popolo pripensanta.

الْمُتَّقُوْنَ ﴿٣٤﴾
لَهُمْ مَّا يَشَآءُوْنَ عِنْدَ رَبِّهِمْ ۚ ذٰلِكَ جَزٰٓؤُا
الْمُحْسِنِيْنَ ﴿٣٥﴾ ۚ
لِيُكَفِّرَ اللّٰهُ عَنْهُمْ اَسْوَاَ الَّذِيْ عَمِلُوْا وَيَجْزِيَهُمْ
اَجْرَهُمْ بِاَحْسَنِ الَّذِيْ كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ ﴿٣٦﴾
اَلَيْسَ اللّٰهُ بِكَافٍ عَبْدَهٗ ۚ وَيُخَوِّفُوْنَكَ بِالَّذِيْنَ
مِنْ دُوْنِهٖ ۚ وَمَنْ يُّضْلِلِ اللّٰهُ فَمَا لَهٗ مِنْ هَادٍ ﴿٣٧﴾ ۚ
وَمَنْ يَّهْدِ اللّٰهُ فَمَا لَهٗ مِنْ مُّضِلٍّ ۚ اَلَيْسَ
اللّٰهُ بِعَزِيْزٍ ذِي انْتِقَامٍ ﴿٣٨﴾
وَلَئِنْ سَاَلْتَهُمْ مَّنْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ
لَيَقُوْلُنَّ اللّٰهُ ۚ قُلْ اَفَرَءَيْتُمْ مَّا تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ
اللّٰهِ اِنْ اَرَادَنِيَ اللّٰهُ بِضُرٍّ هَلْ هُنَّ كٰشِفٰتُ
ضُرِّهٖٓ اَوْ اَرَادَنِيْ بِرَحْمَةٍ هَلْ هُنَّ مُمْسِكٰتُ رَحْمَتِهٖ ۚ
قُلْ حَسْبِيَ اللّٰهُ ۚ عَلَيْهِ يَتَوَكَّلُ الْمُتَوَكِّلُوْنَ ﴿٣٩﴾
قُلْ يٰقَوْمِ اعْمَلُوْا عَلٰى مَكَانَتِكُمْ اِنِّيْ عَامِلٌ ۚ فَسَوْفَ
تَعْلَمُوْنَ ﴿٤٠﴾ ۙ
مَنْ يَّاْتِيْهِ عَذَابٌ يُّخْزِيْهِ وَيَحِلُّ عَلَيْهِ عَذَابٌ
مُّقِيْمٌ ﴿٤١﴾
اِنَّآ اَنْزَلْنَا عَلَيْكَ الْكِتٰبَ لِلنَّاسِ بِالْحَقِّ ۚ فَمَنِ
اهْتَدٰى فَلِنَفْسِهٖ ۚ وَمَنْ ضَلَّ فَاِنَّمَا يَضِلُّ عَلَيْهَا ۚ
وَمَآ اَنْتَ عَلَيْهِمْ بِوَكِيْلٍ ﴿٤٢﴾ ع
اَللّٰهُ يَتَوَفَّى الْاَنْفُسَ حِيْنَ مَوْتِهَا وَالَّتِيْ لَمْ تَمُتْ

44. Ĉu ili prenis al si propetantojn anstataŭ Allahon? Diru: "Eĉ se ili ne havas povon super io ajn, kaj eĉ se ili nenion komprenas? ".

45. Diru: "Ĉiu propeto estas ĉe Allah. Al Li apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Poste vi revenos al Li".

46. Kiam Allah, la Ununura, estas nomata, tiam kuntiriĝas en malŝato la koroj de tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta, sed, kiam estas nomataj tiuj, kiuj estas adorataj anstataŭ Li, jen, ili ĝojegas.

47. Diru: "Ho Allah! Kreinto de la ĉieloj kaj de la tero! Scianto de la Nevideblaĵo kaj de la Videblaĵo! Vi juĝos inter Viaj servantoj, pri kio ili malkonsentis".

48. Eĉ se la malpieguloj posedus ĉion, kio estas sur la tero, kaj eĉ la duoblon krom ĝi, ili ne kapablus elaĉeti sin per ĝi de la terura turmento en la tago de la reviviĝo, kaj al ili aperos de Allah tio, kion ili neniam estus atendintaj,

49. kaj al ili aperos la malbono, kiun ili meritis, kaj ilin ĉirkaŭos tio, kion ili kutimis moki.

50. Kiam iu ajn malfeliĉo trafas la homon, li vokas Nin, poste tamen, kiam Ni donis al li favoron de Ni, li diras: "Tio vere estas donita al mi nur pro mia scio! ". Ne! Tio estas nur elprovo, sed la plej multaj el ili ne scias tion.

51. Vere ankaŭ tiuj, kiuj estis antaŭ ili, parolis tiel, sed al ili neniom utilis tio, kion ili meritis,

52. kaj la malbono de iliaj agoj ekkaptis ilin, kaj la malpiegulojn el ili ankaŭ ekkaptos la malbono de iliaj pasintaj agoj: ili ne povos esti savitaj.

53. Ĉu ili ne scias, ke Allah pliigas kaj mal-

فِي مَنَامِهَا فَيُمْسِكُ الَّتِي قَضَىٰ عَلَيْهَا الْمَوْتَ
وَيُرْسِلُ الْأُخْرَىٰ إِلَىٰ أَجَلٍ مُسَمًّى إِنَّ فِي ذَٰلِكَ
لَآيَاتٍ لِقَوْمٍ يَتَفَكَّرُونَ ﴿٤٢﴾
أَمِ اتَّخَذُوا مِنْ دُونِ اللَّهِ شُفَعَاءَ قُلْ أَوَلَوْ كَانُوا
لَا يَمْلِكُونَ شَيْئًا وَلَا يَعْقِلُونَ ﴿٤٣﴾
قُلْ لِلَّهِ الشَّفَاعَةُ جَمِيعًا لَهُ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَ
الْأَرْضِ ثُمَّ إِلَيْهِ تُرْجَعُونَ ﴿٤٤﴾
وَإِذَا ذُكِرَ اللَّهُ وَحْدَهُ اشْمَأَزَّتْ قُلُوبُ الَّذِينَ
لَا يُؤْمِنُونَ بِالْآخِرَةِ وَإِذَا ذُكِرَ الَّذِينَ مِنْ دُونِهِ
إِذَا هُمْ يَسْتَبْشِرُونَ ﴿٤٥﴾
قُلِ اللَّهُمَّ فَاطِرَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ عَالِمَ الْغَيْبِ
وَالشَّهَادَةِ أَنْتَ تَحْكُمُ بَيْنَ عِبَادِكَ فِي مَا كَانُوا
فِيهِ يَخْتَلِفُونَ ﴿٤٦﴾
وَلَوْ أَنَّ لِلَّذِينَ ظَلَمُوا مَا فِي الْأَرْضِ جَمِيعًا وَمِثْلَهُ
مَعَهُ لَافْتَدَوْا بِهِ مِنْ سُوءِ الْعَذَابِ يَوْمَ الْقِيَامَةِ
وَبَدَا لَهُمْ مِنَ اللَّهِ مَا لَمْ يَكُونُوا يَحْتَسِبُونَ ﴿٤٧﴾
وَبَدَا لَهُمْ سَيِّئَاتُ مَا كَسَبُوا وَحَاقَ بِهِمْ مَا
كَانُوا بِهِ يَسْتَهْزِئُونَ ﴿٤٨﴾
فَإِذَا مَسَّ الْإِنْسَانَ ضُرٌّ دَعَانَا ثُمَّ إِذَا خَوَّلْنَاهُ
نِعْمَةً مِنَّا قَالَ إِنَّمَا أُوتِيتُهُ عَلَىٰ عِلْمٍ بَلْ
هِيَ فِتْنَةٌ وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَهُمْ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٤٩﴾
قَدْ قَالَهَا الَّذِينَ مِنْ قَبْلِهِمْ فَمَا أَغْنَىٰ عَنْهُمْ مَا

pliigas la provizaĵojn, al kiu Li volas? Vere en tio estas signo por popolo kredanta.

54. Diru: "Ho Miaj servantoj, kiuj pekis kontraŭ siaj animoj, tiuj ne malesperu je la kompato de Allah, ĉar Allah pardonas ĉiujn pekojn. Li vere estas la Senkulpigema, la Pardonema.

55. Konvertiĝu al via Sinjoro kaj submetiĝu al Li, antaŭ ol venos al vi la puno, ĉar poste al vi ne estos helpate,

56. kaj sekvu la plej bonajn el tiuj aĵoj, kiuj estas senditaj al vi de via Sinjoro, antaŭ ol venos al vi la puno neatendita, kiam vi ne ekvidas ĝin,

57. por ke iu ne diru: "Ho ve al mi pro tio, kion mi ignoris el miaj devoj al Allah! Vere mi estis unu el la mokantoj! "

58. aŭ por ke iu ne diru: "Se Allah estus gvidinta min, mi estus unu el la justuloj"

59. aŭ por ke iu ne diru, kiam li vidas la punon: "Se estus por mi iu ajn reveno, mi tiam vere estus bonfaranto".

60. Dio respondos: "Ne! Al vi venis Miaj revelacioj kaj vi rifuzis ilin kaj vi fieregiĝis kaj vi estis unu el la miskredantoj"

61. kaj en la tago de la reviviĝo vi vidos tiujn, kiuj mensogis kontraŭ Allah, kun nigraj vizaĝoj: ĉu ne estas la Infero taŭga restadejo por la fiereguloj?

62. Allah liberigos la justulojn kaj donos al ili prosperon; ilin ne trafos malfeliĉo kaj por ili ne estos malĝojo.

63. Allah estas la Kreinto de ĉiuj aĵoj kaj Li estas la gardanto super ĉiuj aĵoj.

64. Al Li apartenas la ŝlosiloj de la ĉieloj kaj de la tero, kaj tiuj, kiuj ne kredas al la revelacioj de Allah, estos la malgajnantoj.

كَانُوا يَكْسِبُونَ ﴿٥١﴾
فَأَصَابَهُمْ سَيِّئَاتُ مَا كَسَبُوا ۚ وَالَّذِينَ ظَلَمُوا مِنْ
هَٰؤُلَاءِ سَيُصِيبُهُمْ سَيِّئَاتُ مَا كَسَبُوا وَمَا هُمْ بِمُعْجِزِينَ ﴿٥٢﴾
أَوَلَمْ يَعْلَمُوا أَنَّ اللَّهَ يَبْسُطُ الرِّزْقَ لِمَنْ يَشَاءُ وَيَقْدِرُ ۚ
ع إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَآيَاتٍ لِقَوْمٍ يُؤْمِنُونَ ﴿٥٣﴾
قُلْ يَا عِبَادِيَ الَّذِينَ أَسْرَفُوا عَلَىٰ أَنْفُسِهِمْ لَا تَقْنَطُوا
مِنْ رَحْمَةِ اللَّهِ ۚ إِنَّ اللَّهَ يَغْفِرُ الذُّنُوبَ جَمِيعًا ۚ
إِنَّهُ هُوَ الْغَفُورُ الرَّحِيمُ ﴿٥٤﴾
وَأَنِيبُوا إِلَىٰ رَبِّكُمْ وَأَسْلِمُوا لَهُ مِنْ قَبْلِ أَنْ يَأْتِيَكُمُ
الْعَذَابُ ثُمَّ لَا تُنْصَرُونَ ﴿٥٥﴾
وَاتَّبِعُوا أَحْسَنَ مَا أُنْزِلَ إِلَيْكُمْ مِنْ رَبِّكُمْ مِنْ
قَبْلِ أَنْ يَأْتِيَكُمُ الْعَذَابُ بَغْتَةً وَأَنْتُمْ لَا تَشْعُرُونَ ﴿٥٦﴾
أَنْ تَقُولَ نَفْسٌ يَا حَسْرَتَىٰ عَلَىٰ مَا فَرَّطْتُ فِي جَنْبِ
اللَّهِ وَإِنْ كُنْتُ لَمِنَ السَّاخِرِينَ ﴿٥٧﴾
أَوْ تَقُولَ لَوْ أَنَّ اللَّهَ هَدَانِي لَكُنْتُ مِنَ الْمُتَّقِينَ ﴿٥٨﴾
أَوْ تَقُولَ حِينَ تَرَى الْعَذَابَ لَوْ أَنَّ لِي كَرَّةً فَأَكُونَ
مِنَ الْمُحْسِنِينَ ﴿٥٩﴾
بَلَىٰ قَدْ جَاءَتْكَ آيَاتِي فَكَذَّبْتَ بِهَا وَاسْتَكْبَرْتَ
وَكُنْتَ مِنَ الْكَافِرِينَ ﴿٦٠﴾
وَيَوْمَ الْقِيَامَةِ تَرَى الَّذِينَ كَذَبُوا عَلَى اللَّهِ وُجُوهُهُمْ
مُسْوَدَّةٌ ۚ أَلَيْسَ فِي جَهَنَّمَ مَثْوًى لِلْمُتَكَبِّرِينَ ﴿٦١﴾
وَيُنَجِّي اللَّهُ الَّذِينَ اتَّقَوْا بِمَفَازَتِهِمْ لَا يَمَسُّهُمُ

65. Diru: ”Ĉu vi ordonas al mi adori ion alian ol Allahon, ho vi malsaĝuloj? ”.

66. Vere estis revelaciite al vi kaj al tiuj, kiuj venis antaŭ vi: ”Se vi aldonos rivalojn al Dio, viaj faroj estos vanaj, kaj vi certe estos unu el la malgajnantoj”.

67. Ne! Adoru do Allahon kaj estu unu el la dankemuloj!

68. Ili ne taksas Allahon laŭ Lia vera valoro. La tuta mondo apartenas al Li. En la tago de la reviviĝo la ĉieloj kunvolviĝos en Lia mano dekstra. Sankta Li estas! Eminenta super tio, kion ili aldonas al Li kiel rivalojn!

69. Estos blovite en la trumpeton kaj svenos ĉiuj, kiuj estas en la ĉieloj kaj sur la tero, krom tiuj, kiujn Allah volas. Poste denove estos blovite kaj, jen! ili atendos starante.

70. Brilegos la tero en la lumego de sia Sinjoro, kaj estos proponita la Libro, kaj aliros la profetoj kaj la atestantoj, kaj estos juĝite inter ili laŭvere, kaj ili ne ricevos maljustecon.

71. Ĉiu animo tamen estos rekompencita pro tio, kion ĝi faris, ĉar Li plej bone scias, kion ili faris.

72. La miskredantoj estos puŝataj al la Infero en grupoj, ĝis ili atingos ĝin, tiam ĝiaj pordoj malfermiĝos kaj iliaj gardantoj diros al ili: ”Ĉu ne venis al vi senditoj el via mezo, proklamante al vi la revelaciojn de via Sinjoro kaj admonante vin antaŭ la veno de ĉi tiu tago? ”. Ili respondos: ”Jes! ”, sed veriĝis laŭ justeco la verdikto kontraŭ la miskredantoj.

73. Estos dirite: ”Eniru la pordojn de l' Infero, por resti tie por ĉiam. Malbonega estas la restadejo de la fieregŭloj! ”.

74. Estos kondukataj en grupoj en la Paradizon tiuj, kiuj respektegis sian Sinjoron, ĝis

السُّوْٓءُ وَلَا هُمْ يَحْزَنُوْنَ ﴿٦٢﴾
اَللّٰهُ خَالِقُ كُلِّ شَيْءٍ ۡ وَّهُوَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ وَّكِيْلٌ ﴿٦٣﴾
لَهٗ مَقَالِيْدُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ؕ وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا
ع بِاٰيٰتِ اللّٰهِ اُولٰٓئِكَ هُمُ الْخٰسِرُوْنَ ﴿٦٤﴾
قُلْ اَفَغَيْرَ اللّٰهِ تَاْمُرُوْٓنِّيْٓ اَعْبُدُ اَيُّهَا الْجٰهِلُوْنَ ﴿٦٥﴾
وَلَقَدْ اُوْحِيَ اِلَيْكَ وَاِلَى الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِكَ ۚ لَئِنْ
اَشْرَكْتَ لَيَحْبَطَنَّ عَمَلُكَ وَلَتَكُوْنَنَّ مِنَ الْخٰسِرِيْنَ ﴿٦٦﴾
بَلِ اللّٰهَ فَاعْبُدْ وَكُنْ مِّنَ الشّٰكِرِيْنَ ﴿٦٧﴾
وَمَا قَدَرُوا اللّٰهَ حَقَّ قَدْرِهٖ ۖ وَالْاَرْضُ جَمِيْعًا
قَبْضَتُهٗ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ وَالسَّمٰوٰتُ مَطْوِيّٰتٌ ۢبِيَمِيْنِهٖ ؕ
سُبْحٰنَهٗ وَتَعٰلٰى عَمَّا يُشْرِكُوْنَ ﴿٦٨﴾
وَنُفِخَ فِي الصُّوْرِ فَصَعِقَ مَنْ فِي السَّمٰوٰتِ وَمَنْ
فِي الْاَرْضِ اِلَّا مَنْ شَآءَ اللّٰهُ ؕ ثُمَّ نُفِخَ فِيْهِ اُخْرٰى
فَاِذَا هُمْ قِيَامٌ يَّنْظُرُوْنَ ﴿٦٩﴾
وَاَشْرَقَتِ الْاَرْضُ بِنُوْرِ رَبِّهَا وَوُضِعَ الْكِتٰبُ وَ
جِايْٓءَ بِالنَّبِيّٖنَ وَالشُّهَدَآءِ وَقُضِيَ بَيْنَهُمْ بِالْحَقِّ وَهُمْ لَا
يُظْلَمُوْنَ ﴿٧٠﴾
ع وَوُفِّيَتْ كُلُّ نَفْسٍ مَّا عَمِلَتْ وَهُوَ اَعْلَمُ بِمَا يَفْعَلُوْنَ ﴿٧١﴾
وَسِيْقَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اِلٰى جَهَنَّمَ زُمَرًا ؕ حَتّٰٓى اِذَا
جَآءُوْهَا فُتِحَتْ اَبْوَابُهَا وَقَالَ لَهُمْ خَزَنَتُهَآ اَلَمْ
يَاْتِكُمْ رُسُلٌ مِّنْكُمْ يَتْلُوْنَ عَلَيْكُمْ اٰيٰتِ رَبِّكُمْ
وَيُنْذِرُوْنَكُمْ لِقَآءَ يَوْمِكُمْ هٰذَا ؕ قَالُوْا بَلٰى وَلٰكِنْ

ili atingos ĝin, tiam ĝiaj pordoj malfermiĝos kaj diros al ili iliaj gardantoj: "La paco estu super vi! Estu feliĉaj kaj eniru tien por resti por ĉiam! ".

75. Ili respondos: "Estu laŭdegata Allah, Tiu, kiu plenumis Sian promeson al ni kaj donis al ni kiel heredaĵon la teron, por ke ni restu en la Paradizo kie ajn ni volas! ". Kiel bona estos la rekompenco de la bonfarantoj!

76. Vi vidos la anĝelojn kunveni de ĉie ĉirkaŭ la trono, glorante kaj laŭdegante sian Sinjoron. Estos juĝite inter ili laŭvere kaj estos dirite: "Estu laŭdegata Allah, la Sinjoro de l' Universo! ".

حَقَّتْ كَلِمَةُ الْعَذَابِ عَلَى الْكٰفِرِيْنَ ﴿٧٢﴾
قِيْلَ ادْخُلُوْٓا اَبْوَابَ جَهَنَّمَ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ۚ فَبِئْسَ
مَثْوَى الْمُتَكَبِّرِيْنَ ﴿٧٣﴾
وَ سِيْقَ الَّذِيْنَ اتَّقَوْا رَبَّهُمْ اِلَى الْجَنَّةِ زُمَرًا ؕ
حَتّٰٓى اِذَا جَآءُوْهَا وَ فُتِحَتْ اَبْوَابُهَا وَ قَالَ لَهُمْ
خَزَنَتُهَا سَلٰمٌ عَلَيْكُمْ طِبْتُمْ فَادْخُلُوْهَا خٰلِدِيْنَ ﴿٧٤﴾
وَ قَالُوا الْحَمْدُ لِلّٰهِ الَّذِيْ صَدَقَنَا وَعْدَهٗ وَ اَوْرَثَنَا
الْاَرْضَ نَتَبَوَّاُ مِنَ الْجَنَّةِ حَيْثُ نَشَآءُ ۚ فَنِعْمَ
اَجْرُ الْعٰمِلِيْنَ ﴿٧٥﴾
وَ تَرَى الْمَلٰٓئِكَةَ حَآفِّيْنَ مِنْ حَوْلِ الْعَرْشِ يُسَبِّحُوْنَ
بِحَمْدِ رَبِّهِمْ ۚ وَ قُضِيَ بَيْنَهُمْ بِالْحَقِّ وَ قِيْلَ
الْحَمْدُ لِلّٰهِ رَبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٧٦﴾ ع ٥




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Hâ Mîm.**

3. Ĉi tiu estas la revelacio de la Libro de Allah, la Ĉiopova, la Ĉioscia,

4. la Pardonanto de la kulpoj, la Akceptanto de la pento, la Severa je la puno, la Posedanto de la indulgo. Ne ekzistas alia Dio ol Li, kaj al Li ĉio revenos.

5. Pri la signoj de Allah disputas nur la miskredantoj. Ne trompu vin ilia prospera komerco en la lando.

6. Antaŭ ili jam negis la senditojn la popolo de Noa, kaj la konfederacianoj post ili, kaj ĉiu popolo komplotis por ekkapti sian senditon, kaj ili disputis maljuste por kontraŭstari tiel la veron. Mi tamen ekkaptis ilin: kia estas Mia puno!

7. Tiel veriĝis la vorto de via Sinjoro kontraŭ la miskredantoj: ili estas loĝantoj de la fajro.

8. Tiuj, kiuj subtenas la Tronon*** kaj ĉirkaŭas ĝin, gloregas la sanktecon de sia Sinjoro kaj kredas je Li kaj petas pardonon por la kredantoj: "Nia Sinjoro, vi ĉirkaŭprenas ĉiujn aĵojn per Via kompato kaj Via scio, do Vi pardonu al tiuj, kiuj pentas kaj sekvas Vian vojon, savu ilin de la turmento de l' Infero.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
حٰمٓ ②
تَنْزِيْلُ الْكِتٰبِ مِنَ اللّٰهِ الْعَزِيْزِ الْعَلِيْمِ ③
غَافِرِ الذَّنْبِ وَ قَابِلِ التَّوْبِ شَدِيْدِ الْعِقَابِ
ذِى الطَّوْلِ لَآ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ اِلَيْهِ الْمَصِيْرُ ④
مَا يُجَادِلُ فِيْٓ اٰيٰتِ اللّٰهِ اِلَّا الَّذِيْنَ كَفَرُوْا فَلَا يَغْرُرْكَ
تَقَلُّبُهُمْ فِى الْبِلَادِ ⑤
كَذَّبَتْ قَبْلَهُمْ قَوْمُ نُوْحٍ وَّالْاَحْزَابُ مِنْۢ بَعْدِهِمْ
وَهَمَّتْ كُلُّ اُمَّةٍۢ بِرَسُوْلِهِمْ لِيَاْخُذُوْهُ وَجٰدَلُوْا
بِالْبَاطِلِ لِيُدْحِضُوْا بِهِ الْحَقَّ فَاَخَذْتُهُمْ فَكَيْفَ
كَانَ عِقَابِ ⑥
وَكَذٰلِكَ حَقَّتْ كَلِمَتُ رَبِّكَ عَلَى الَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا
اَنَّهُمْ اَصْحٰبُ النَّارِ ⑦
اَلَّذِيْنَ يَحْمِلُوْنَ الْعَرْشَ وَمَنْ حَوْلَهٗ يُسَبِّحُوْنَ بِحَمْدِ
رَبِّهِمْ وَيُؤْمِنُوْنَ بِهٖ وَيَسْتَغْفِرُوْنَ لِلَّذِيْنَ
اٰمَنُوْا رَبَّنَا وَسِعْتَ كُلَّ شَيْءٍ رَّحْمَةً وَّعِلْمًا
فَاغْفِرْ لِلَّذِيْنَ تَابُوْا وَاتَّبَعُوْا سَبِيْلَكَ وَقِهِمْ
عَذَابَ الْجَحِيْمِ ⑧
رَبَّنَا وَاَدْخِلْهُمْ جَنّٰتِ عَدْنِ ِالَّتِيْ وَعَدْتَّهُمْ

---

* v. la verson 2[illegible]an
** Laŭdegenda, Ĉioscia!
*** la anĝeloj

9. Nia Sinjoro, enirigu ilin en la ĝardenojn de l' Eterneco, kiujn Vi promesis al ili kaj al la justuloj el iliaj patroj, edzinoj kaj idoj. Vere Vi estas la Ĉiopova, la Saĝa.

10. Savu ilin de la malbono, ĉar al tiu, kiun Vi savis de la malbono en tiu tago, Vi vere kompatis. Tiu ĉi estas la plej granda triumfo".

11. Vere la miskredantoj estos vokitaj kaj estos dirite al ili: "Pli granda estas la malamo de Allah ol via malamo kontraŭ vi mem. Memoru, kiam vi estis alvokitaj al la kredo, kaj vi persistis je la miskredo! ".

12. Ili diros: "Nia Sinjoro, Vi lasis nin morti dufoje, kaj Vi revivigis nin dufoje: ni konfesas niajn kulpojn, ĉu eble ekzistas eliro de ĉi tie? ".

13. "Ĉi tiu estas via puno, ĉar vi ne kredis, kiam Allah estis la sola alvokita, sed, kiam estis aldonitaj al Li rivaloj, vi kredis. La decido tamen apartenas nur al Allah, la Eminenta, la Grandega! ".

14. Estas Li Tiu, kiu montras al vi Siajn signojn kaj sendas al vi el la ĉielo la provizaĵojn. Nur la konvertiĝintoj tamen akceptas la admonon.

15. Alvoku Allahon en perfekta obeemo al Li, eĉ se tio estas malagrabla al la miskredantoj.

16. Li estas la plej Supera super ĉiuj rangoj, la Sinjoro de la Trono! Li sendas Sian spiriton laŭ Sia ordono, al kiu Li volas el Siaj servantoj, por admoni ilin pri la tago de la renkonto,

17. pri la tago, en kiu ili sin prezentos. Nenio de ili estos malkaŝita antaŭ Allah. Al kiu apartenos la suvereneco en tiu tago? Al Allah, la Ununura, la Suverena.

وَمَنْ صَلَحَ مِنْ آبَائِهِمْ وَأَزْوَاجِهِمْ وَذُرِّيَّاتِهِمْ ۚ
إِنَّكَ أَنْتَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿٩﴾
وَقِهِمُ السَّيِّئَاتِ ۚ وَمَنْ تَقِ السَّيِّئَاتِ يَوْمَئِذٍ
ع فَقَدْ رَحِمْتَهُ ۚ وَذَٰلِكَ هُوَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿١٠﴾
إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا يُنَادَوْنَ لَمَقْتُ اللَّهِ أَكْبَرُ
مِنْ مَقْتِكُمْ أَنْفُسَكُمْ إِذْ تُدْعَوْنَ إِلَى الْإِيمَانِ
فَتَكْفُرُونَ ﴿١١﴾
قَالُوا رَبَّنَا أَمَتَّنَا اثْنَتَيْنِ وَأَحْيَيْتَنَا اثْنَتَيْنِ
فَاعْتَرَفْنَا بِذُنُوبِنَا فَهَلْ إِلَىٰ خُرُوجٍ مِنْ
سَبِيلٍ ﴿١٢﴾
ذَٰلِكُمْ بِأَنَّهُ إِذَا دُعِيَ اللَّهُ وَحْدَهُ كَفَرْتُمْ ۖ
وَإِنْ يُشْرَكْ بِهِ تُؤْمِنُوا ۚ فَالْحُكْمُ لِلَّهِ الْعَلِيِّ
الْكَبِيرِ ﴿١٣﴾
هُوَ الَّذِي يُرِيكُمْ آيَاتِهِ وَيُنَزِّلُ لَكُمْ مِنَ
السَّمَاءِ رِزْقًا ۚ وَمَا يَتَذَكَّرُ إِلَّا مَنْ يُنِيبُ ﴿١٤﴾
فَادْعُوا اللَّهَ مُخْلِصِينَ لَهُ الدِّينَ وَلَوْ كَرِهَ
الْكَافِرُونَ ﴿١٥﴾
رَفِيعُ الدَّرَجَاتِ ذُو الْعَرْشِ يُلْقِي الرُّوحَ مِنْ
أَمْرِهِ عَلَىٰ مَنْ يَشَاءُ مِنْ عِبَادِهِ لِيُنْذِرَ يَوْمَ
التَّلَاقِ ﴿١٦﴾
يَوْمَ هُمْ بَارِزُونَ ۖ لَا يَخْفَىٰ عَلَى اللَّهِ مِنْهُمْ
شَيْءٌ ۚ لِمَنِ الْمُلْكُ الْيَوْمَ ۖ لِلَّهِ الْوَاحِدِ الْقَهَّارِ ﴿١٧﴾

18. En tiu tago estos repagite al ĉiu homo laŭ tio, kion li meritis. Neniu maljusteco en tiu tago! Vere Allah estas rapida je l' juĝo.

الْيَوْمَ تُجْزَىٰ كُلُّ نَفْسٍ بِمَا كَسَبَتْ ۚ لَا ظُلْمَ
الْيَوْمَ ۚ إِنَّ اللَّهَ سَرِيعُ الْحِسَابِ ﴿١٨﴾

19. Admonu ilin pri la tago alproksimiĝanta, kiam la koroj supreniros en la gorĝojn, plenaj de malĝojo. Ne estos por la malpieguloj iu ajn amiko nek propetanto, kiun oni aŭskultos.

وَأَنذِرْهُمْ يَوْمَ الْآزِفَةِ إِذِ الْقُلُوبُ لَدَى
الْحَنَاجِرِ كَاظِمِينَ ۚ مَا لِلظَّالِمِينَ مِنْ حَمِيمٍ
وَلَا شَفِيعٍ يُطَاعُ ﴿١٩﴾

20. Li konas la perfidan rigardon de la okuloj kaj tion, kion la brustoj kaŝas.

يَعْلَمُ خَائِنَةَ الْأَعْيُنِ وَمَا تُخْفِي الصُّدُورُ ﴿٢٠﴾

21. Allah juĝas laŭ la vero kaj tiuj, kiujn ili alvokas anstataŭ Allahon, nenion povas juĝi. Vere Allah estas la Ĉioaŭda, la Ĉiovida.

وَاللَّهُ يَقْضِي بِالْحَقِّ ۖ وَالَّذِينَ يَدْعُونَ مِن
دُونِهِ لَا يَقْضُونَ بِشَيْءٍ ۗ إِنَّ اللَّهَ هُوَ السَّمِيعُ
الْبَصِيرُ ﴿٢١﴾ ع

22. Ĉu ili ne vojaĝis sur la tero por vidi, kiel estis la fino de tiuj, kiuj estis antaŭ ili? Tiuj estis pli fortaj ol ili je povo kaj pli persistaj je la signoj, kiujn ili postlasis sur la tero. Allah tamen ekkaptis ilin pro iliaj pekoj, kaj por ili ne estis iu ajn por defendi ilin kontraŭ Allah.

أَوَلَمْ يَسِيرُوا فِي الْأَرْضِ فَيَنظُرُوا كَيْفَ
كَانَ عَاقِبَةُ الَّذِينَ كَانُوا مِن قَبْلِهِمْ ۚ كَانُوا هُمْ أَشَدَّ
مِنْهُمْ قُوَّةً وَآثَارًا فِي الْأَرْضِ فَأَخَذَهُمُ اللَّهُ بِذُنُوبِهِمْ
وَمَا كَانَ لَهُم مِّنَ اللَّهِ مِن وَاقٍ ﴿٢٢﴾

23. Tio okazis, ĉar iliaj senditoj venis al ili kun evidentaj pruvoj, sed ili ne kredis; tial Allah ekkaptis ilin. Li vere estas forta, severa je l' puno.

ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمْ كَانَت تَّأْتِيهِمْ رُسُلُهُم بِالْبَيِّنَاتِ فَكَفَرُوا
فَأَخَذَهُمُ اللَّهُ ۚ إِنَّهُ قَوِيٌّ شَدِيدُ الْعِقَابِ ﴿٢٣﴾

24. Ni vere sendis Moseon kun Niaj signoj kaj kun evidenta aŭtoritato

وَلَقَدْ أَرْسَلْنَا مُوسَىٰ بِآيَاتِنَا وَسُلْطَانٍ مُّبِينٍ ﴿٢٤﴾

25. al Faraono kaj Hâmân kaj Kārūn, sed ili diris: "Li estas sorĉisto, mensogulo! "

إِلَىٰ فِرْعَوْنَ وَهَامَانَ وَقَارُونَ فَقَالُوا سَاحِرٌ كَذَّابٌ ﴿٢٥﴾

26. kaj, kiam li venis al ili kun la vero de Ni, ili diris: "Mortigu la filojn de tiuj, kiuj kredas kun li, kaj kaptu iliajn virinojn". La atako de la miskredantoj tamen estis vana.

فَلَمَّا جَاءَهُم بِالْحَقِّ مِنْ عِندِنَا قَالُوا اقْتُلُوا أَبْنَاءَ
الَّذِينَ آمَنُوا مَعَهُ وَاسْتَحْيُوا نِسَاءَهُمْ ۚ وَمَا كَيْدُ
الْكَافِرِينَ إِلَّا فِي ضَلَالٍ ﴿٢٦﴾

27. Diris Faraono: "Lasu min, mi volas mortigi Moseon, kaj lasu lin alvoki sian Sinjoron. Alie mi timas, ke li povus ŝanĝi vian kredon aŭ estigi malpacon en la lando".

وَقَالَ فِرْعَوْنُ ذَرُونِي أَقْتُلْ مُوسَىٰ وَلْيَدْعُ
رَبَّهُ ۖ إِنِّي أَخَافُ أَن يُبَدِّلَ دِينَكُمْ أَوْ أَن يُظْهِرَ

28. Diris Moseo: "Vere mi serĉas rifuĝon ĉe mia Sinjoro kaj via Sinjoro kontraŭ ĉiu fieregulo, kiu ne kredas al la tago de la juĝo".

29. Diris viro kredanta el la popolo de Faraono, kiu kaŝis sian kredon: "Ĉu vi volas mortigi viron, ĉar li diras: "Mia Sinjoro estas Allah", kvankam li certe venis al vi kun evidentaj pruvoj de via Sinjoro? Se li estas mensoganto, la mensogo falu sur lin, sed, se li estas sincera, tiam trafos vin iom da tio, pri kio li minacas. Vere Allah ne gvidas tiun, kiu ekscesas kaj mensogas.

30. Ho mia popolo, hodiaŭ vi havas la suverenecon, ĉar vi estas la superuloj en la lando. Kiu tamen defendos nin kontraŭ la puno de Allah, kiam ĝi venos sur nin? ". Faraono diris: "Mi montras al vi nur, kion mi mem vidas, kaj mi nur gvidas vin sur la vojon de la justeco".

31. Respondis tiu, kiu kredis: "Ho mia popolo, mi timas por vi la saman sorton, kiu trafis la konfederacianojn,

32. la saman sorton, kiu trafis la popolon de Noa, kaj la Aadanojn kaj la Tamudon kaj tiujn, kiuj estis post ili. Allah ne volas iun ajn maljustecon kontraŭ la servantoj.

33. Ho mia popolo, mi vere timas por vi la tagon de la alvoko reciproka,

34. la tagon, en kiu vi turnos vin por fuĝi. Neniu protektanto estos por vi kontraŭ Allah. Tiu, kiun Allah lasas erari, ne havos gvidanton por si".

35. Jam antaŭe venis al vi Jozef kun evidentaj pruvoj, sed vi ne ĉesis esti en dubo pri tio, kun kio li venis al vi, ĝis li mortis; tiam vi diris: "Allah neniam estigos senditon post li". Allah tiel erarigas tiujn, kiuj estas ekscesantaj kaj dubantaj,

فِي الْأَرْضِ الْفَسَادَ ﴿٢٧﴾
وَقَالَ مُوسَىٰ إِنِّي عُذْتُ بِرَبِّي وَرَبِّكُم مِّن كُلِّ
ع مُتَكَبِّرٍ لَّا يُؤْمِنُ بِيَوْمِ الْحِسَابِ ﴿٢٨﴾
وَقَالَ رَجُلٌ مُّؤْمِنٌ مِّنْ آلِ فِرْعَوْنَ يَكْتُمُ إِيمَانَهُ
أَتَقْتُلُونَ رَجُلًا أَن يَقُولَ رَبِّيَ اللَّهُ وَقَدْ جَاءَكُم
بِالْبَيِّنَٰتِ مِن رَّبِّكُمْ وَإِن يَكُ كَاذِبًا فَعَلَيْهِ
كَذِبُهُ وَإِن يَكُ صَادِقًا يُصِبْكُم بَعْضُ الَّذِي
يَعِدُكُمْ إِنَّ اللَّهَ لَا يَهْدِي مَنْ هُوَ مُسْرِفٌ
كَذَّابٌ ﴿٢٩﴾
يَٰقَوْمِ لَكُمُ الْمُلْكُ الْيَوْمَ ظَٰهِرِينَ فِي الْأَرْضِ
فَمَن يَنصُرُنَا مِن بَأْسِ اللَّهِ إِن جَاءَنَا قَالَ
فِرْعَوْنُ مَا أُرِيكُمْ إِلَّا مَا أَرَىٰ وَمَا أَهْدِيكُمْ
إِلَّا سَبِيلَ الرَّشَادِ ﴿٣٠﴾
وَقَالَ الَّذِي آمَنَ يَٰقَوْمِ إِنِّي أَخَافُ عَلَيْكُم مِّثْلَ
يَوْمِ الْأَحْزَابِ ﴿٣١﴾
مِثْلَ دَأْبِ قَوْمِ نُوحٍ وَعَادٍ وَثَمُودَ وَالَّذِينَ
مِن بَعْدِهِمْ وَمَا اللَّهُ يُرِيدُ ظُلْمًا لِّلْعِبَادِ ﴿٣٢﴾
وَيَٰقَوْمِ إِنِّي أَخَافُ عَلَيْكُمْ يَوْمَ التَّنَادِ ﴿٣٣﴾
يَوْمَ تُوَلُّونَ مُدْبِرِينَ مَا لَكُم مِّنَ اللَّهِ مِنْ
عَاصِمٍ وَمَن يُضْلِلِ اللَّهُ فَمَا لَهُ مِنْ هَادٍ ﴿٣٤﴾
وَلَقَدْ جَاءَكُمْ يُوسُفُ مِن قَبْلُ بِالْبَيِّنَٰتِ فَمَا
زِلْتُمْ فِي شَكٍّ مِّمَّا جَاءَكُم بِهِ حَتَّىٰ إِذَا هَلَكَ قُلْتُمْ

36. tiujn, kiuj disputas pri la signoj de Allah, kvankam al ili ne venis iu ajn aŭtoritato. Ili estos en granda malŝato antaŭ Allah kaj antaŭ la kredantoj. Tiel Allah sigelas la koron de ĉiu fieregulo, malhumilulo.

37. Diris Faraono: "Ho Hâmân, konstruu por mi turon, por ke mi atingu la regionojn,

38. la regionojn de la ĉieloj, por ke mi informiĝu pri la Dio de Moseo, ĉar mi vere opinias lin mensogulo". Tiel bela ŝajnis al Faraono lia agado, kaj li devojiĝis de la rekta vojo, kaj la atako de Faraono finiĝis per pereo.

39. Diris tiu, kiu kredis: "Ho mia popolo, sekvu min. Mi gvidas vin sur la vojon de la justeco.

40. Ho mia popolo, tiu ĉi vivo estas nur nedaŭra ĝuado, sed la vivo venonta vere estas daŭra restadejo.

41. Kiu malbonfaras, tiu ricevos la saman malbonon kiel rekompencon, kaj kiu bonfaras – ĉu viro, ĉu virino – kaj kredas: estas ili tiuj, kiuj eniros la Paradizon por esti provizitaj tie sen limigo.

42. Ho mia popolo, kiel okazas, ke mi vokas vin al la savo, dum vi vokas min al la fajro?

43. Vi instigas min rifuzi Allahon kaj aldoni al Li kiel rivalon tion, pri kio mi ne havas iun ajn scion. Mi male vokas vin al la Ĉiopova, la Grandanima.

44. Ne ekzistas dubo, ke tio, al kio vi vokas min, ne havas iun ajn rajton en ĉi tiu vivo nek en la vivo venonta, kaj ke nia reveno estos al Allah, kaj ke la ekscesantoj estos loĝantoj de l' fajro.

لَن يَبْعَثَ اللَّهُ مِن بَعْدِهِ رَسُولًا ۚ كَذَٰلِكَ يُضِلُّ
اللَّهُ مَنْ هُوَ مُسْرِفٌ مُّرْتَابٌ ﴿٣٤﴾
الَّذِينَ يُجَادِلُونَ فِي آيَاتِ اللَّهِ بِغَيْرِ سُلْطَانٍ أَتَاهُمْ
كَبُرَ مَقْتًا عِندَ اللَّهِ وَعِندَ الَّذِينَ آمَنُوا ۚ كَذَٰلِكَ
يَطْبَعُ اللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ قَلْبِ مُتَكَبِّرٍ جَبَّارٍ ﴿٣٥﴾
وَقَالَ فِرْعَوْنُ يَا هَامَانُ ابْنِ لِي صَرْحًا لَّعَلِّي
أَبْلُغُ الْأَسْبَابَ ﴿٣٦﴾
أَسْبَابَ السَّمَاوَاتِ فَأَطَّلِعَ إِلَىٰ إِلَٰهِ مُوسَىٰ وَإِنِّي
لَأَظُنُّهُ كَاذِبًا ۚ وَكَذَٰلِكَ زُيِّنَ لِفِرْعَوْنَ سُوءُ عَمَلِهِ
وَصُدَّ عَنِ السَّبِيلِ ۚ وَمَا كَيْدُ فِرْعَوْنَ إِلَّا فِي
تَبَابٍ ﴿٣٧﴾
وَقَالَ الَّذِي آمَنَ يَا قَوْمِ اتَّبِعُونِ أَهْدِكُمْ سَبِيلَ
الرَّشَادِ ﴿٣٨﴾
يَا قَوْمِ إِنَّمَا هَٰذِهِ الْحَيَاةُ الدُّنْيَا مَتَاعٌ وَإِنَّ الْآخِرَةَ
هِيَ دَارُ الْقَرَارِ ﴿٣٩﴾
مَنْ عَمِلَ سَيِّئَةً فَلَا يُجْزَىٰ إِلَّا مِثْلَهَا ۖ وَمَنْ
عَمِلَ صَالِحًا مِّن ذَكَرٍ أَوْ أُنثَىٰ وَهُوَ مُؤْمِنٌ فَأُولَٰئِكَ
يَدْخُلُونَ الْجَنَّةَ يُرْزَقُونَ فِيهَا بِغَيْرِ حِسَابٍ ﴿٤٠﴾
وَيَا قَوْمِ مَا لِي أَدْعُوكُمْ إِلَى النَّجَاةِ وَتَدْعُونَنِي
إِلَى النَّارِ ﴿٤١﴾
تَدْعُونَنِي لِأَكْفُرَ بِاللَّهِ وَأُشْرِكَ بِهِ مَا لَيْسَ
لِي بِهِ عِلْمٌ وَأَنَا أَدْعُوكُمْ إِلَى الْعَزِيزِ الْغَفَّارِ ﴿٤٢﴾

45. Vi memoros, kion mi diras al vi, kaj mi konfidas mian aferon al Allah. Vere Allah bone vidas la servantojn".

46. Allah protektis lin kontraŭ la malbono de tio, kion ili projektis, kaj terura puno trafis la popolon de Faraono:

47. la fajro; ili estis elmetitaj al ĝi matene kaj vespere; kaj en la tago, en kiu venos la Horo, estos dirite: "Lasu la popolon de Faraono eniri la plej severan punon! ".

48. Kiam ili disputos en la fajro, diros la malfortuloj al la fieruloj: "Ni ja estis viaj sekvantoj: ĉu vi do ne volas forpreni de ni almenaŭ iom da fajro? ".

49. Diros tiam la fieruloj: "Ni ĉiuj estas en ĝi. Vere Allah nun juĝis inter la servantoj".

50. Diros tiuj, kiuj estos en la fajro, al la gardantoj de l' Infero: "Preĝu al via Sinjoro, por ke Li iom mildigu ĉi tiun turmenton".

51. Ili respondos: "Ĉu ne venis al vi viaj senditoj kun evidentaj pruvoj? " kaj ili diros: "Jes! ". Ili diros: "Tiam preĝu vi! " la preĝo de la miskredantoj tamen estas vana.

52. Vere Ni helpos Niajn senditojn kaj la kredantojn en ĉi tiu vivo kaj en la tago, en kiu stariĝos la atestantoj,

53. en la tago, en kiu ne utilos al la malpieguloj iliaj pretekstoj, kaj sur ili estos la malbeno, kaj por ili estos malbonega hejmo.

54. Ni vere donis al Moseo la gvidilon kaj Ni faris la idojn de Izrael heredantoj de la Libro,

55. gvidilo kaj admono por la prudentuloj.

لَا جَرَمَ أَنَّمَا تَدْعُونَنِي إِلَيْهِ لَيْسَ لَهُ دَعْوَةٌ فِي
الدُّنْيَا وَلَا فِي الْآخِرَةِ وَأَنَّ مَرَدَّنَا إِلَى اللَّهِ وَأَنَّ
الْمُسْرِفِينَ هُمْ أَصْحَابُ النَّارِ ﴿٤٤﴾
فَسَتَذْكُرُونَ مَا أَقُولُ لَكُمْ وَأُفَوِّضُ أَمْرِي إِلَى
اللَّهِ إِنَّ اللَّهَ بَصِيرٌ بِالْعِبَادِ ﴿٤٥﴾
فَوَقَاهُ اللَّهُ سَيِّئَاتِ مَا مَكَرُوا وَحَاقَ بِآلِ فِرْعَوْنَ
سُوءُ الْعَذَابِ ﴿٤٦﴾
النَّارُ يُعْرَضُونَ عَلَيْهَا غُدُوًّا وَعَشِيًّا وَيَوْمَ
تَقُومُ السَّاعَةُ أَدْخِلُوا آلَ فِرْعَوْنَ أَشَدَّ
الْعَذَابِ ﴿٤٧﴾
وَإِذْ يَتَحَاجُّونَ فِي النَّارِ فَيَقُولُ الضُّعَفَاءُ لِلَّذِينَ
اسْتَكْبَرُوا إِنَّا كُنَّا لَكُمْ تَبَعًا فَهَلْ أَنْتُمْ مُغْنُونَ
عَنَّا نَصِيبًا مِنَ النَّارِ ﴿٤٨﴾
قَالَ الَّذِينَ اسْتَكْبَرُوا إِنَّا كُلٌّ فِيهَا إِنَّ اللَّهَ قَدْ
حَكَمَ بَيْنَ الْعِبَادِ ﴿٤٩﴾
وَقَالَ الَّذِينَ فِي النَّارِ لِخَزَنَةِ جَهَنَّمَ ادْعُوا
رَبَّكُمْ يُخَفِّفْ عَنَّا يَوْمًا مِنَ الْعَذَابِ ﴿٥٠﴾
قَالُوا أَوَلَمْ تَكُ تَأْتِيكُمْ رُسُلُكُمْ بِالْبَيِّنَاتِ قَالُوا
بَلَىٰ قَالُوا فَادْعُوا وَمَا دُعَاءُ الْكَافِرِينَ إِلَّا فِي
ضَلَالٍ ﴿٥١﴾
إِنَّا لَنَنْصُرُ رُسُلَنَا وَالَّذِينَ آمَنُوا فِي الْحَيَاةِ الدُّنْيَا
وَيَوْمَ يَقُومُ الْأَشْهَادُ ﴿٥٢﴾

56. Estu do persista. Vere la promeso de Allah estas vera. Kaj serĉu protekton kontraŭ via malforteco kaj gloregu vian Sinjoron per Lia laŭdego vespere kaj matene.

57. Tiuj, kiuj disputas pri la revelacioj de Allah, kvankam ne venis al ili iu ajn aŭtoritato, – en iliaj brustoj nur estas fieregeco – ne atingos ĝin. Serĉu do rifuĝon apud Allah, Vere estas Li Tiu, kiu estas la Ĉioaŭda, la Ĉiovida.

58. La kreo de la ĉieloj kaj de la tero estas pli granda ol la kreo de la homoj, sed la plej multaj el la homoj ne scias tion.

59. Ne estas egalaj la blindulo al la vidanto, nek tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, al tiuj, kiuj malbonfaras; malmulte estas, kion vi pripensas!

60. La Horo certe venos: pri tio ne ekzistas dubo, sed la plej multaj el la homoj ne kredas.

61. Via Sinjoro diras: "Preĝu al Mi, kaj Mi aŭskultos vin. Tiuj tamen, kiuj estas tro fieraj por adori Min, eniros en la Inferon, humiligitaj".

62. Estas Allah Tiu, kiu kreis por vi la nokton, por ke vi ripozu en ĝi, kaj la tagon por vidi. Vere Allah estas la Posedanto de la graco por la homoj, sed la plej multaj el la homoj ne estas dankaj.

63. Tiu estas Allah, via Sinjoro, Kreinto de ĉiuj aĵoj. Ne ekzistas alia Dio ol Li. Kial vi do turnas vin for?

64. Tiel turnas sin for nur tiuj, kiuj rifuzas la revelaciojn de Allah.

يَوْمَ لَا يَنْفَعُ الظّٰلِمِيْنَ مَعْذِرَتُهُمْ وَلَهُمُ اللَّعْنَةُ
وَلَهُمْ سُوْٓءُ الدَّارِ ﴿٥٣﴾
وَلَقَدْ اٰتَيْنَا مُوْسَى الْهُدٰى وَاَوْرَثْنَا بَنِيْٓ
اِسْرَآءِيْلَ الْكِتٰبَ ﴿٥٤﴾
هُدًى وَّذِكْرٰى لِاُولِي الْاَلْبَابِ ﴿٥٥﴾
فَاصْبِرْ اِنَّ وَعْدَ اللّٰهِ حَقٌّ وَّاسْتَغْفِرْ لِذَنْۢبِكَ وَ
سَبِّحْ بِحَمْدِ رَبِّكَ بِالْعَشِيِّ وَالْاِبْكَارِ ﴿٥٦﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ يُجَادِلُوْنَ فِيْٓ اٰيٰتِ اللّٰهِ بِغَيْرِ سُلْطٰنٍ
اَتٰهُمْ اِنْ فِيْ صُدُوْرِهِمْ اِلَّا كِبْرٌ مَّا هُمْ بِبَالِغِيْهِ
فَاسْتَعِذْ بِاللّٰهِ اِنَّهٗ هُوَ السَّمِيْعُ الْبَصِيْرُ ﴿٥٧﴾
لَخَلْقُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ اَكْبَرُ مِنْ خَلْقِ النَّاسِ
وَلٰكِنَّ اَكْثَرَ النَّاسِ لَا يَعْلَمُوْنَ ﴿٥٨﴾
وَمَا يَسْتَوِي الْاَعْمٰى وَالْبَصِيْرُ وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا
وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ وَلَا الْمُسِيْٓءُ قَلِيْلًا مَّا
تَتَذَكَّرُوْنَ ﴿٥٩﴾
اِنَّ السَّاعَةَ لَاٰتِيَةٌ لَّا رَيْبَ فِيْهَا وَلٰكِنَّ اَكْثَرَ
النَّاسِ لَا يُؤْمِنُوْنَ ﴿٦٠﴾
وَقَالَ رَبُّكُمُ ادْعُوْنِيْٓ اَسْتَجِبْ لَكُمْ اِنَّ الَّذِيْنَ
ع يَسْتَكْبِرُوْنَ عَنْ عِبَادَتِيْ سَيَدْخُلُوْنَ جَهَنَّمَ دٰخِرِيْنَ ﴿٦١﴾
اَللّٰهُ الَّذِيْ جَعَلَ لَكُمُ الَّيْلَ لِتَسْكُنُوْا فِيْهِ وَالنَّهَارَ
مُبْصِرًا اِنَّ اللّٰهَ لَذُوْ فَضْلٍ عَلَى النَّاسِ وَلٰكِنَّ
اَكْثَرَ النَّاسِ لَا يَشْكُرُوْنَ ﴿٦٢﴾

65. Estas Allah Tiu, kiu faris la teron firma planko por vi kaj la ĉielon tegmento, kaj formis vin, poste perfektigis vian formon kaj provizis vin per bonaj aĵoj. Tiu estas Allah, via Sinjoro. Benata do estu Allah, la Sinjoro de l' Universo!

66. Li estas la Vivanta, ne ekzistas alia Dio ol Li, do alvoku Lin en perfekta obeemo al Li. Laŭdegata estu Allah, la Sinjoro de l' Universo!

67. Diru: "Al mi estas malpermesite adori tiujn, kiujn vi alvokas anstataŭ Allahon, post kiam venis al mi evidentaj pruvoj de mia Sinjoro, kaj al mi estas ordonite submetiĝi al la Sinjoro de l' Universo".

68. Estas Li Tiu, kiu kreis vin el polvo, poste el spermoguto, poste el buleto de koaguliĝinta sango, poste Li eligas vin el la patrina ventro kiel infanojn, poste Li kreskigas vin ĝis la plenaĝo, poste Li faras vin maljunaj – kvankam iuj el vi mortas antaŭe – kaj Li direktas vin al difinita celo. Tion Li faris, por ke vi komprenu.

69. Estas Li Tiu, kiu igas vivi kaj morti. Kiam Li decidas pri iu afero, vere Li diras al ĝi: "Estu! " kaj ĝi estas.

70. Ĉu vi ne vidis tiujn, kiuj disputas pri la revelacioj de Allah? Kiel ili turnas sin for!

71. Tiujn, kiuj ne kredas je la Libro nek je tio, kun kio Ni sendis Niajn senditojn. Baldaŭ ili tamen ekscios,

72. kiam feraj ligiloj estos ĉirkaŭ iliaj koloj, kaj katenoj. Ili estos trenitaj

73. en bolantan akvon, poste ili estos ĵetitaj en la fajron,

ذٰلِكُمُ اللّٰهُ رَبُّكُمْ خَالِقُ كُلِّ شَيْءٍ لَّآ إِلٰهَ إِلَّا هُوَ
فَأَنّٰى تُؤْفَكُونَ ﴿٦٣﴾
كَذٰلِكَ يُؤْفَكُ الَّذِينَ كَانُوا بِاٰيٰتِ اللّٰهِ يَجْحَدُونَ ﴿٦٤﴾
اَللّٰهُ الَّذِي جَعَلَ لَكُمُ الْأَرْضَ قَرَارًا وَّالسَّمَآءَ
بِنَآءً وَّصَوَّرَكُمْ فَأَحْسَنَ صُوَرَكُمْ وَرَزَقَكُمْ
مِّنَ الطَّيِّبٰتِ ذٰلِكُمُ اللّٰهُ رَبُّكُمْ فَتَبٰرَكَ اللّٰهُ
رَبُّ الْعٰلَمِينَ ﴿٦٥﴾
هُوَ الْحَيُّ لَآ إِلٰهَ إِلَّا هُوَ فَادْعُوهُ مُخْلِصِينَ لَهُ
الدِّينَ الْحَمْدُ لِلّٰهِ رَبِّ الْعٰلَمِينَ ﴿٦٦﴾
قُلْ إِنِّي نُهِيتُ أَنْ أَعْبُدَ الَّذِينَ تَدْعُونَ مِنْ
دُونِ اللّٰهِ لَمَّا جَآءَنِيَ الْبَيِّنٰتُ مِنْ رَّبِّي وَأُمِرْتُ
أَنْ أُسْلِمَ لِرَبِّ الْعٰلَمِينَ ﴿٦٧﴾
هُوَ الَّذِي خَلَقَكُمْ مِّنْ تُرَابٍ ثُمَّ مِنْ نُّطْفَةٍ
ثُمَّ مِنْ عَلَقَةٍ ثُمَّ يُخْرِجُكُمْ طِفْلًا ثُمَّ لِتَبْلُغُوٓا
أَشُدَّكُمْ ثُمَّ لِتَكُونُوا شُيُوخًا وَمِنْكُمْ مَّنْ يُتَوَفّٰى
مِنْ قَبْلُ وَلِتَبْلُغُوٓا أَجَلًا مُّسَمًّى وَّلَعَلَّكُمْ
تَعْقِلُونَ ﴿٦٨﴾
هُوَ الَّذِي يُحْيِ وَيُمِيتُ فَإِذَا قَضٰٓى أَمْرًا فَإِنَّمَا
يَقُولُ لَهُ كُنْ فَيَكُونُ ﴿٦٩﴾
أَلَمْ تَرَ إِلَى الَّذِينَ يُجَادِلُونَ فِيٓ اٰيٰتِ اللّٰهِ أَنّٰى
يُصْرَفُونَ ﴿٧٠﴾
الَّذِينَ كَذَّبُوا بِالْكِتٰبِ وَبِمَآ أَرْسَلْنَا بِهِ رُسُلَنَا

74. poste estos dirite al ili: "Kie estas tiuj, kiujn vi aldonis kiel rivalojn

75. al Allah? ". Ili diros: "Ili turnis sin for de ni. Ne! Antaŭe ni nenion alvokis". Tiel Allah lasas la miskredantojn erari.

76. "Tio okazas al vi, ĉar vi ĝuadis sur la tero, maljuste, kaj vi krome fieriĝis.

77. Eniru do la pordojn de l' Infero por resti tie por ĉiam. Malbonega estas la restadejo de la fiereguloj! ".

78. Estu do pacienca. Vere la promeso de Allah estas vera. Ĉu Ni montras al vi la plenumiĝon de iuj aĵoj, pri kiuj Ni minacis ilin, ĉu Ni igas vin morti antaŭe, ĉiukaze ili revenos al Ni.

79. Certe Ni jam sendis senditojn antaŭ vi; inter ili estas iuj, pri kiuj Ni jam rakontis al vi, kaj estas ankaŭ iuj, pri kiuj Ni ankoraŭ ne rakontis al vi. Neniu sendito estus povinta alporti iun ajn signon sen la ordono de Allah. Kiam tamen la ordono de Allah venas, tiam la afero estas decidita laŭvere, kaj tiam pereas tiuj, kiuj sekvas la falson.

80. Estas Allah Tiu, kiu kreis por vi la brutojn, por ke vi rajdu sur ili kaj por ke vi manĝu el ili

81. – vi ankaŭ havas pluan utilon de ili – kaj por ke vi kontentigu per ili ĉiun ajn bezonon de viaj brustoj. Sur ili kiel sur ŝipoj vi estas portataj.

82. Li montras al vi Siajn signojn. Kiun do el la signoj de Allah vi volas negi?

فَسَوْفَ يَعْلَمُوْنَ ﴿٧١﴾
إِذِ الْأَغْلٰلُ فِيْٓ أَعْنَاقِهِمْ وَالسَّلٰسِلُ ۭ يُسْحَبُوْنَ ﴿٧٢﴾
فِي الْحَمِيْمِ ۥ ثُمَّ فِي النَّارِ يُسْجَرُوْنَ ﴿٧٣﴾
ثُمَّ قِيْلَ لَهُمْ أَيْنَ مَا كُنْتُمْ تُشْرِكُوْنَ ﴿٧٤﴾
مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ ۭ قَالُوْا ضَلُّوْا عَنَّا بَلْ لَّمْ نَكُنْ
نَّدْعُوْا مِنْ قَبْلُ شَيْـًٔا ۭ كَذٰلِكَ يُضِلُّ اللّٰهُ
الْكٰفِرِيْنَ ﴿٧٥﴾
ذٰلِكُمْ بِمَا كُنْتُمْ تَفْرَحُوْنَ فِي الْأَرْضِ بِغَيْرِ
الْحَقِّ وَبِمَا كُنْتُمْ تَمْرَحُوْنَ ﴿٧٦﴾
أُدْخُلُوْٓا أَبْوَابَ جَهَنَّمَ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ۚ فَبِئْسَ
مَثْوَى الْمُتَكَبِّرِيْنَ ﴿٧٧﴾
فَاصْبِرْ إِنَّ وَعْدَ اللّٰهِ حَقٌّ ۚ فَإِمَّا نُرِيَنَّكَ بَعْضَ
الَّذِيْ نَعِدُهُمْ أَوْ نَتَوَفَّيَنَّكَ فَإِلَيْنَا يُرْجَعُوْنَ ﴿٧٨﴾
وَلَقَدْ أَرْسَلْنَا رُسُلًا مِّنْ قَبْلِكَ مِنْهُمْ مَّنْ قَصَصْنَا
عَلَيْكَ وَمِنْهُمْ مَّنْ لَّمْ نَقْصُصْ عَلَيْكَ ۭ وَمَا كَانَ
لِرَسُوْلٍ أَنْ يَّأْتِيَ بِاٰيَةٍ إِلَّا بِإِذْنِ اللّٰهِ ۚ فَإِذَا جَآءَ
أَمْرُ اللّٰهِ قُضِيَ بِالْحَقِّ وَخَسِرَ هُنَالِكَ الْمُبْطِلُوْنَ ﴿٧٩﴾ ع ١٣
اَللّٰهُ الَّذِيْ جَعَلَ لَكُمُ الْأَنْعَامَ لِتَرْكَبُوْا مِنْهَا وَمِنْهَا
تَأْكُلُوْنَ ﴿٨٠﴾
وَلَكُمْ فِيْهَا مَنَافِعُ وَلِتَبْلُغُوْا عَلَيْهَا حَاجَةً فِيْ
صُدُوْرِكُمْ وَعَلَيْهَا وَعَلَى الْفُلْكِ تُحْمَلُوْنَ ﴿٨١﴾
وَيُرِيْكُمْ اٰيٰتِهٖ ۗ فَأَيَّ اٰيٰتِ اللّٰهِ تُنْكِرُوْنَ ﴿٨٢﴾

83. Ĉu ili ne vojaĝis sur la tero por vidi, kiel estis la fino de tiuj antaŭ ili? Tiuj estis pli multenombraj ol ili kaj pli fortaj je povo kaj je la signoj, kiujn ili postlasis sur la tero. Tio tamen, kion ili akiris, neniom utilis al ili.

84. Kiam venis al ili iliaj senditoj kun evidentaj pruvoj, tiam ili ĝojegis pro la scio, kiun ili posedis, kaj ilin ĉirkaŭis tio, kion ili mokis.

85. Kiam ili vidis Nian punon ili diris: "Ni kredas je Allah, la Ununura, kaj ni rifuzas tion, kion ni aldonis al Li kiel rivalon".

86. Al ili tamen neniom utilos ilia kredo, post kiam ili jam vidos Nian punon. Tiu estas la leĝo de Allah, kiun ĉiam sekvis Liaj servantoj. Tiel pereos la miskredantoj.

أَفَلَمْ يَسِيرُوا فِي الْأَرْضِ فَيَنظُرُوا كَيْفَ كَانَ
عَاقِبَةُ الَّذِينَ مِن قَبْلِهِمْ ۚ كَانُوا أَكْثَرَ مِنْهُمْ وَأَشَدَّ
قُوَّةً وَآثَارًا فِي الْأَرْضِ فَمَا أَغْنَىٰ عَنْهُم مَّا كَانُوا
يَكْسِبُونَ ﴿٨٣﴾
فَلَمَّا جَاءَتْهُمْ رُسُلُهُم بِالْبَيِّنَاتِ فَرِحُوا بِمَا عِندَهُم
مِّنَ الْعِلْمِ وَحَاقَ بِهِم مَّا كَانُوا بِهِ يَسْتَهْزِئُونَ ﴿٨٤﴾
فَلَمَّا رَأَوْا بَأْسَنَا قَالُوا آمَنَّا بِاللَّهِ وَحْدَهُ وَكَفَرْنَا بِمَا
كُنَّا بِهِ مُشْرِكِينَ ﴿٨٥﴾
فَلَمْ يَكُ يَنفَعُهُمْ إِيمَانُهُمْ لَمَّا رَأَوْا بَأْسَنَا ۖ
سُنَّتَ اللَّهِ الَّتِي قَدْ خَلَتْ فِي عِبَادِهِ ۖ وَخَسِرَ
هُنَالِكَ الْكَافِرُونَ ﴿٨٦﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Hā Mīm.*

3. Jen la revelacio de la Donema, Pardonema,

4. Libro, kies versoj estas vere klaraj, ĝi estas ofte legata**, ĝi estas en araba lingvo, por popolo, kiu scias,

5. portanta la bonan novaĵon kaj admonanta. La plej multaj el ili tamen turnas sin for, tiel ke ili ne aŭdas.

6. Ili diras: "Niaj koroj estas implikitaj kontraŭ tio, al kio vi vokas nin, kaj en niaj oreloj estas surdeco, kaj inter ni kaj vi estas kurteno. Tial vi agu, ankaŭ ni agas".

7. Diru: "Mi estas nur homo kiel vi. Al mi estis revelaciite, ke via Dio estas Dio unununura, do vi estu sinceraj al Li kaj petu pardonon de Li". Ve al la idolanoj,

8. kiuj ne disdonas almozojn kaj negas la vivon venontan!

9. Vere por tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, estos rekompenco senfina.

10. **Diru: "Ĉu vi vere negas Tiun, kiu kreis la teron en du tagoj? Ĉu vi aldonas al Li rivalojn? ". Nur Li estas la Sinjoro de l' Universo.**

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
حٰمٓ (٢)
تَنْزِيْلٌ مِّنَ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (٣)
كِتٰبٌ فُصِّلَتْ اٰيٰتُهٗ قُرْاٰنًا عَرَبِيًّا لِّقَوْمٍ يَّعْلَمُوْنَ (٤)
بَشِيْرًا وَّنَذِيْرًا فَاَعْرَضَ اَكْثَرُهُمْ فَهُمْ لَا
يَسْمَعُوْنَ (٥)
وَقَالُوْا قُلُوْبُنَا فِيْٓ اَكِنَّةٍ مِّمَّا تَدْعُوْنَآ اِلَيْهِ
وَفِيْٓ اٰذَانِنَا وَقْرٌ وَّمِنْۢ بَيْنِنَا وَبَيْنِكَ حِجَابٌ
فَاعْمَلْ اِنَّنَا عٰمِلُوْنَ (٦)
قُلْ اِنَّمَآ اَنَا بَشَرٌ مِّثْلُكُمْ يُوْحٰٓى اِلَيَّ اَنَّمَآ اِلٰهُكُمْ
اِلٰهٌ وَّاحِدٌ فَاسْتَقِيْمُوْٓا اِلَيْهِ وَاسْتَغْفِرُوْهُ وَوَيْلٌ
لِّلْمُشْرِكِيْنَ (٧)
الَّذِيْنَ لَا يُؤْتُوْنَ الزَّكٰوةَ وَهُمْ بِالْاٰخِرَةِ هُمْ كٰفِرُوْنَ (٨)
اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَهُمْ اَجْرٌ غَيْرُ
مَمْنُوْنٍ (٩) ع ١٥
قُلْ اَئِنَّكُمْ لَتَكْفُرُوْنَ بِالَّذِيْ خَلَقَ الْاَرْضَ فِيْ
يَوْمَيْنِ وَتَجْعَلُوْنَ لَهٗٓ اَنْدَادًا ذٰلِكَ رَبُّ
الْعٰلَمِيْنَ (١٠)
وَجَعَلَ فِيْهَا رَوَاسِيَ مِنْ فَوْقِهَا وَبٰرَكَ فِيْهَا

---

* Laŭdegenda, Ĉioscia!

** Arabe: Korano

11. Li metis sur la teron firmajn montojn, kiuj superas ĝin, kaj Li benis ĝin, kaj Li bone ordigis sur ĝi la nutraĵon en kvar sezonojn, egale atingeblajn por la serĉantoj.

12. Poste Li turnis Sin al la ĉielo, kiu estis ankoraŭ nebulo, kaj Li diris al ĝi kaj al la tero: "Venu vi ambaŭ, volonte aŭ malvolonte". Ili respondis: "Ni venas volonte".

13. Tiel Li perfektigis ilin kaj sep ĉielojn en du tagoj, kaj en ĉiu ĉielo Li donis Sian ordonon, kaj Ni ornamis la plej malsupran ĉielon per torĉoj kiel protekton. Tiu estas la dekreto de la Ĉiopova, de la Ĉioscia.

14. Se ili tamen turnas sin for, vi diru: "Mi admonis vin pri malfeliĉo simila al la malfeliĉo de la Aadanoj kaj de Tamūd".

15. Kiam venis al ili senditoj de antaŭe kaj de malantaŭe, dirante: "Ne adoru iun alian ol Allahon", ili diris: "Se nia Sinjoro estus volinta, Li certe sendus anĝelojn, tial ni rifuzas tion, kun kio vi estas senditaj".

16. Nu, pri la Aadanoj: ili kondutis fierege en la lando kontraŭ la vero, kaj diris: "Kiu estas pli forta ol ni je povo? ". Ĉu ili do ne vidis, ke Allah estas Tiu, kiu kreis ilin? Li certe estas pli forta ol ili je povo. Ili tamen daŭrigas sian rifuzon de Niaj signoj.

17. Tial Ni sendis kontraŭ ilin fortegan venton dum pluraj malfeliĉaj tagoj, por gustumigi al ili la punon de la honto en ĉi tiu vivo. La puno en la vivo venonta estos eĉ pli hontiga, kaj por ili ne estos helpo.

18. Nu pri la Tamudoj: Ni gvidis ilin, ili tamen preferis la blindecon al la gvidado, tial trafis ilin la malfeliĉo de hontiga puno pro tio, kion ili meritis.

19. Ni savis tiujn, kiuj estis kredantoj kaj justuloj.

وَقَدَّرَ فِيهَا أَقْوَاتَهَا فِي أَرْبَعَةِ أَيَّامٍ سَوَاءً
لِلسَّائِلِينَ ﴿١١﴾
ثُمَّ اسْتَوَى إِلَى السَّمَاءِ وَهِيَ دُخَانٌ فَقَالَ لَهَا
وَلِلْأَرْضِ ائْتِيَا طَوْعًا أَوْ كَرْهًا قَالَتَا أَتَيْنَا
طَائِعِينَ ﴿١٢﴾
فَقَضَاهُنَّ سَبْعَ سَمَاوَاتٍ فِي يَوْمَيْنِ وَأَوْحَى
فِي كُلِّ سَمَاءٍ أَمْرَهَا وَزَيَّنَّا السَّمَاءَ الدُّنْيَا
بِمَصَابِيحَ وَحِفْظًا ذَلِكَ تَقْدِيرُ الْعَزِيزِ
الْعَلِيمِ ﴿١٣﴾
فَإِنْ أَعْرَضُوا فَقُلْ أَنْذَرْتُكُمْ صَاعِقَةً مِثْلَ
صَاعِقَةِ عَادٍ وَثَمُودَ ﴿١٤﴾
إِذْ جَاءَتْهُمُ الرُّسُلُ مِنْ بَيْنِ أَيْدِيهِمْ وَمِنْ
خَلْفِهِمْ أَلَّا تَعْبُدُوا إِلَّا اللَّهَ قَالُوا لَوْ شَاءَ رَبُّنَا
لَأَنْزَلَ مَلَائِكَةً فَإِنَّا بِمَا أُرْسِلْتُمْ بِهِ كَافِرُونَ ﴿١٥﴾
فَأَمَّا عَادٌ فَاسْتَكْبَرُوا فِي الْأَرْضِ بِغَيْرِ الْحَقِّ وَ
قَالُوا مَنْ أَشَدُّ مِنَّا قُوَّةً أَوَلَمْ يَرَوْا أَنَّ اللَّهَ
الَّذِي خَلَقَهُمْ هُوَ أَشَدُّ مِنْهُمْ قُوَّةً وَكَانُوا
بِآيَاتِنَا يَجْحَدُونَ ﴿١٦﴾
فَأَرْسَلْنَا عَلَيْهِمْ رِيحًا صَرْصَرًا فِي أَيَّامٍ نَحِسَاتٍ
لِنُذِيقَهُمْ عَذَابَ الْخِزْيِ فِي الْحَيَاةِ الدُّنْيَا
وَلَعَذَابُ الْآخِرَةِ أَخْزَى وَهُمْ لَا يُنْصَرُونَ ﴿١٧﴾
وَأَمَّا ثَمُودُ فَهَدَيْنَاهُمْ فَاسْتَحَبُّوا الْعَمَى عَلَى

20. En la tago, en kiu estos kunvenigitaj la malamikoj de Allah al la fajro, ili estos dividitaj en taĉmentojn,

21. ĝis ili atingos ĝin; tiam atestos kontraŭ ili iliaj oreloj kaj iliaj okuloj kaj ilia haŭto pri tio, kion ili faris.

22. Ili tiam diros al sia haŭto: "Kial vi atestas kontraŭ ni? ". Ĝi respondos: "Allah igis min paroli, Tiu, kiu igas paroli ĉiujn aĵojn. Estas Li Tiu, kiu kreis vin unuafoje kaj al Li vi revenos.

23. Vi ne kutimis kaŝi tiel efike viajn pekojn, ke ne povu atesti kontraŭ vi viaj oreloj kaj viaj okuloj kaj via haŭto, sed vi imagis, ke Allah ne konas multajn viajn agojn.

24. Tio tamen, kion vi imagis pri via Sinjoro, puŝis vin en pereon, tiel vi fariĝis malgajnantoj".

25. Eĉ se ili toleros pacience, tamen la fajro estos ilia loĝejo, kaj, se ili petos pardonon, tamen al ili ne estos pardonite.

26. Ni destinis por ili kunulojn, kiuj igis tion, kio estas antaŭ ili, kaj tion, kio estas malantaŭ ili, ŝajni bela al ili kaj tiel realiĝis kontraŭ ili la juĝo kune kun la grupoj de Ginnoj kaj homoj, kiuj estis forpasintaj antaŭ ili. Certe ili estis malgajnantoj.

27. Diris la miskredantoj: "Ne aŭskultu ĉi tiun Koranon, sed bruegu tie, por ke vi venku".

28. Certe Ni al la miskredantoj gustumigos severan punon, kaj Ni certe repagos al ili la plej malbonajn el iliaj agoj.

الْهُدٰى فَاَخَذَتْهُمْ صٰعِقَةُ الْعَذَابِ الْهُوْنِ
بِمَا كَانُوْا يَكْسِبُوْنَ ﴿١٨﴾
وَنَجَّيْنَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَكَانُوْا يَتَّقُوْنَ ﴿١٩﴾
وَيَوْمَ يُحْشَرُ اَعْدَآءُ اللّٰهِ اِلَى النَّارِ فَهُمْ
يُوْزَعُوْنَ ﴿٢٠﴾
حَتّٰۤى اِذَا مَا جَآءُوْهَا شَهِدَ عَلَيْهِمْ سَمْعُهُمْ وَ
اَبْصَارُهُمْ وَجُلُوْدُهُمْ بِمَا كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ ﴿٢١﴾
وَقَالُوْا لِجُلُوْدِهِمْ لِمَ شَهِدْتُّمْ عَلَيْنَا ؕ قَالُوْۤا
اَنْطَقَنَا اللّٰهُ الَّذِيْۤ اَنْطَقَ كُلَّ شَيْءٍ وَّهُوَ خَلَقَكُمْ
اَوَّلَ مَرَّةٍ وَّاِلَيْهِ تُرْجَعُوْنَ ﴿٢٢﴾
وَمَا كُنْتُمْ تَسْتَتِرُوْنَ اَنْ يَّشْهَدَ عَلَيْكُمْ سَمْعُكُمْ
وَلَاۤ اَبْصَارُكُمْ وَلَا جُلُوْدُكُمْ وَلٰكِنْ ظَنَنْتُمْ اَنَّ
اللّٰهَ لَا يَعْلَمُ كَثِيْرًا مِّمَّا تَعْمَلُوْنَ ﴿٢٣﴾
وَذٰلِكُمْ ظَنُّكُمُ الَّذِيْ ظَنَنْتُمْ بِرَبِّكُمْ اَرْدٰىكُمْ
فَاَصْبَحْتُمْ مِّنَ الْخٰسِرِيْنَ ﴿٢٤﴾
فَاِنْ يَّصْبِرُوْا فَالنَّارُ مَثْوًى لَّهُمْ ۚ وَاِنْ يَّسْتَعْتِبُوْا
فَمَا هُمْ مِّنَ الْمُعْتَبِيْنَ ﴿٢٥﴾
وَقَيَّضْنَا لَهُمْ قُرَنَآءَ فَزَيَّنُوْا لَهُمْ مَّا بَيْنَ
اَيْدِيْهِمْ وَمَا خَلْفَهُمْ وَحَقَّ عَلَيْهِمُ الْقَوْلُ
فِيْۤ اُمَمٍ قَدْ خَلَتْ مِنْ قَبْلِهِمْ مِّنَ الْجِنِّ وَالْاِنْسِ ۚ
اِنَّهُمْ كَانُوْا خٰسِرِيْنَ ﴿٢٦﴾
وَقَالَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَا تَسْمَعُوْا لِهٰذَا الْقُرْاٰنِ

29. Tiu estas la rekompenco por la malamikoj de Allah: la fajro. En ĝi ili havos daŭran loĝejon kiel rekompencon, ĉar ili kutimis negi Niajn revelaciojn.

30. La miskredantoj diros: "Nia Sinjoro, montru al ni tiujn el la Ĝinnoj kaj el la homoj, kiuj devojigis nin, por ke ni tretu sur ilin, por ke ili estu la malestimindaj".

31. Al tiuj tamen, kiuj diras: "Nia Sinjoro estas Allah", kaj poste staras paciencaj, venos la anĝeloj: "Ne timu kaj ne estu malĝojaj, sed ĝoju pro la Paradizo kiu estas promesita al vi.

32. Ni estas viaj amikoj en ĉi tiu vivo kaj en la vivo venonta. Tie vi posedos ĉion, kion viaj animoj deziregas kaj tie vi posedos ĉion, kion vi petis.

33. Tio estos donaco de la Senkulpigema, de la Pardonema".

34. Kiu estas pli ĝusta je la parolo ol tiu, kiu vokas Allahon kaj bonfaras kaj diras: "Mi vere estas submetiĝinto"?

35. Bono kaj malbono ne estas egalaj. Vi do forigu la malbonon per tio, kio estas plej bona. Jen, tiu, kontraŭ kiu vi havis malamikecon, fariĝos la plej sincera amiko.

36. Tio tamen estas konsentita nur al la persistemuloj, kaj tio estas konsentita nur al posedanto de noblega animo.

37. Kiam tuŝas vin instigo de Satano, tiam vi serĉu vian rifuĝon ĉe Allah. Li vere estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia.

وَالْغَوْا فِيهِ لَعَلَّكُمْ تَغْلِبُونَ ﴿٢٧﴾
فَلَنُذِيقَنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا عَذَابًا شَدِيدًا وَ
لَنَجْزِيَنَّهُمْ أَسْوَأَ الَّذِي كَانُوا يَعْمَلُونَ ﴿٢٨﴾
ذٰلِكَ جَزَاءُ أَعْدَاءِ اللّٰهِ النَّارُ لَهُمْ فِيهَا دَارُ
الْخُلْدِ جَزَاءً بِمَا كَانُوا بِآيَاتِنَا يَجْحَدُونَ ﴿٢٩﴾
وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا رَبَّنَا أَرِنَا الَّذَيْنِ أَضَلَّانَا
مِنَ الْجِنِّ وَالْإِنْسِ نَجْعَلْهُمَا تَحْتَ أَقْدَامِنَا
لِيَكُونَا مِنَ الْأَسْفَلِينَ ﴿٣٠﴾
إِنَّ الَّذِينَ قَالُوا رَبُّنَا اللّٰهُ ثُمَّ اسْتَقَامُوا تَتَنَزَّلُ
عَلَيْهِمُ الْمَلٰٓئِكَةُ أَلَّا تَخَافُوا وَلَا تَحْزَنُوا وَأَبْشِرُوا
بِالْجَنَّةِ الَّتِي كُنْتُمْ تُوعَدُونَ ﴿٣١﴾
نَحْنُ أَوْلِيَاؤُكُمْ فِي الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا وَفِي الْآخِرَةِ
وَلَكُمْ فِيهَا مَا تَشْتَهِي أَنْفُسُكُمْ وَلَكُمْ فِيهَا مَا
تَدَّعُونَ ﴿٣٢﴾
ع نُزُلًا مِنْ غَفُورٍ رَحِيمٍ ﴿٣٣﴾
وَمَنْ أَحْسَنُ قَوْلًا مِمَّنْ دَعَا إِلَى اللّٰهِ وَعَمِلَ
صَالِحًا وَقَالَ إِنَّنِي مِنَ الْمُسْلِمِينَ ﴿٣٤﴾
وَلَا تَسْتَوِي الْحَسَنَةُ وَلَا السَّيِّئَةُ ادْفَعْ بِالَّتِي
هِيَ أَحْسَنُ فَإِذَا الَّذِي بَيْنَكَ وَبَيْنَهُ عَدَاوَةٌ
كَأَنَّهُ وَلِيٌّ حَمِيمٌ ﴿٣٥﴾
وَمَا يُلَقّٰهَا إِلَّا الَّذِينَ صَبَرُوا وَمَا يُلَقّٰهَا
إِلَّا ذُو حَظٍّ عَظِيمٍ ﴿٣٦﴾

38. Inter Liaj signoj estas la nokto kaj la tago kaj la suno kaj la luno. Vi ne adoru la sunon nek la lunon sed adoru Allahon, kiu kreis ilin, se vi vere volas adori Lin.

39. Se ili tamen fieriĝas, tiam gloregas Lin nokte kaj tage tiuj, kiuj estas proksimaj al Li, kaj ili neniam laciĝas.

40. Inter Liaj signoj estas la jena: ke vi vidas la teron senviva kaj seka kaj, kiam Ni sendas akvon sur ĝin, ĝi moviĝas kaj ŝvelas. Vere Tiu, kiu vivigis ĝin, certe revivigos ankaŭ la mortintojn. Li vere havas povon super ĉiuj aferoj.

41. Vere tiuj, kiuj falsas Niajn revelaciojn, ne estas kaŝitaj antaŭ Ni. Ĉu estas tiu, kiu estos ĵetita en la fajron, pli bona ol tiu, kiu leviĝos sekura en la tago de la reviviĝo? Faru tion, kion vi volas, Li certe vidas, kion vi faras.

42. Vere tiuj, kiuj ne kredas al la admono, kiam ĝi venas al ili, estos punitaj, kaj ĝi vere estas potenca Libro.

43. Al ĝi ne alproksimiĝas la falso de antaŭe nek de malantaŭe. Tio estas revelacio de la Saĝa, de la Laŭdegenda.

44. Al vi estas dirita nur tio, kio jam estis dirita al la senditoj antaŭ vi. Via Sinjoro vere estas la Posedanto de la pardono, sed ankaŭ la Posedanto de dolora puno.

45. Se Ni estus kreinta el ĝi Koranon en fremda lingvo, ili dirus: "Kial ĝiaj versoj ne estas faritaj klaraj? Kiel? Fremda lingvo kaj Arabo?". Diru: "Ĝi estas gvidilo kaj sanigilo por la kredantoj". Tiuj tamen, kiuj ne kredas, -- en iliaj oreloj estas surdeco kaj ĝi restas nevidebla por ili -- estas kvazaŭ vokitaj el malproksima loko, tiel ke ili ne aŭdas.

وَإِمَّا يَنزَغَنَّكَ مِنَ الشَّيْطَٰنِ نَزْغٌ فَاسْتَعِذْ
بِاللَّهِ ۖ إِنَّهُ هُوَ السَّمِيعُ الْعَلِيمُ ﴿٣٦﴾
وَمِنْ ءَايَٰتِهِ الَّيْلُ وَالنَّهَارُ وَالشَّمْسُ وَالْقَمَرُ ۚ
لَا تَسْجُدُوا لِلشَّمْسِ وَلَا لِلْقَمَرِ وَاسْجُدُوا لِلَّهِ الَّذِي
خَلَقَهُنَّ إِن كُنتُمْ إِيَّاهُ تَعْبُدُونَ ﴿٣٧﴾
فَإِنِ اسْتَكْبَرُوا فَالَّذِينَ عِندَ رَبِّكَ يُسَبِّحُونَ لَهُ
بِالَّيْلِ وَالنَّهَارِ وَهُمْ لَا يَسْـَٔمُونَ ۩ ﴿٣٨﴾
وَمِنْ ءَايَٰتِهِ أَنَّكَ تَرَى الْأَرْضَ خَٰشِعَةً فَإِذَا أَنزَلْنَا
عَلَيْهَا الْمَآءَ اهْتَزَّتْ وَرَبَتْ ۚ إِنَّ الَّذِي أَحْيَاهَا
لَمُحْيِ الْمَوْتَىٰ ۚ إِنَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٣٩﴾
إِنَّ الَّذِينَ يُلْحِدُونَ فِي ءَايَٰتِنَا لَا يَخْفَوْنَ عَلَيْنَا ۗ
أَفَمَن يُلْقَىٰ فِي النَّارِ خَيْرٌ أَم مَّن يَأْتِي ءَامِنًا يَوْمَ
الْقِيَٰمَةِ ۚ اعْمَلُوا مَا شِئْتُمْ ۖ إِنَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ﴿٤٠﴾
إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا بِالذِّكْرِ لَمَّا جَآءَهُمْ ۖ وَإِنَّهُ لَكِتَٰبٌ
عَزِيزٌ ﴿٤١﴾
لَّا يَأْتِيهِ الْبَٰطِلُ مِنۢ بَيْنِ يَدَيْهِ وَلَا مِنْ خَلْفِهِ ۖ
تَنزِيلٌ مِّنْ حَكِيمٍ حَمِيدٍ ﴿٤٢﴾
مَّا يُقَالُ لَكَ إِلَّا مَا قَدْ قِيلَ لِلرُّسُلِ مِن قَبْلِكَ ۚ
إِنَّ رَبَّكَ لَذُو مَغْفِرَةٍ وَذُو عِقَابٍ أَلِيمٍ ﴿٤٣﴾
وَلَوْ جَعَلْنَٰهُ قُرْءَانًا أَعْجَمِيًّا لَّقَالُوا لَوْلَا فُصِّلَتْ ءَايَٰتُهُ ۖ
ءَا۬عْجَمِيٌّ وَعَرَبِيٌّ ۗ قُلْ هُوَ لِلَّذِينَ ءَامَنُوا هُدًى
وَشِفَآءٌ ۖ وَالَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ فِي ءَاذَانِهِمْ وَقْرٌ

46. Ni vere donis al Moseo la Skribon, sed inter ili estiĝis malkonsento. Se ne estus veninta antaŭe vorto de via Sinjoro, tiam estus juĝite inter ili. Ili vere estas en maltrankviliga dubo pri ĝi.

47. Kiu bonfaras, tiu faras tion por sia propra animo, kaj kiu malbonfaras, tiu ankaŭ faras tion kontraŭ sia animo, kaj via Sinjoro neniam estas maljusta kontraŭ la servantoj.

*

Fino de la 24-a parto

48. Al Li estas rezervita la scio pri la Horo kaj neniu frukto eliras el sia ujo kaj neniu virino gravediĝas aŭ naskas sen Lia scio. En la tago, en kiu Li diros al ili: "Kie estas Miaj rivaloj? ", ili respondos: "Ni certigas al Vi, neniu el ni vidis ilin".

49. Ĉio, kion ili kutimis alvoki antaŭe, forlasos ilin, kaj ili komprenos, ke por ili ne ekzistas rifuĝejo.

50. La homo neniam laciĝas peti bonajn aĵojn, sed, kiam lin trafas malfeliĉo, li malesperas, malfeliĉiĝas.

51. Kiam Ni gustumigas al li Nian kompaton, post kiam lin trafis malfeliĉo, li certe diras: "Tio apartenas laŭrajte al mi, kaj mi opinias, ke la Horo ne venos, sed, se mi reiros al mia Sinjoro, tiam apud Li estos la plej bonaj aĵoj por mi". Ni tamen anoncos al la miskredantoj, kion ili faris, kaj Ni certe gustumigos al ili teruran turmenton.

52. Kiam Ni konsentas al la homo iun favoron, li turnas sin for kaj foriras, sed, kiam lin trafas malfeliĉo, jen! li komencas preĝi longege.

وَهُوَ عَلَيْهِمْ عَمًى ۚ أُولَٰئِكَ يُنَادَوْنَ مِنْ مَكَانٍ
بَعِيدٍ ﴿٤٥﴾
وَلَقَدْ آتَيْنَا مُوسَى الْكِتَابَ فَاخْتُلِفَ فِيهِ ۗ وَلَوْلَا
كَلِمَةٌ سَبَقَتْ مِنْ رَبِّكَ لَقُضِيَ بَيْنَهُمْ ۚ وَإِنَّهُمْ
لَفِي شَكٍّ مِنْهُ مُرِيبٍ ﴿٤٦﴾
مَنْ عَمِلَ صَالِحًا فَلِنَفْسِهِ ۖ وَمَنْ أَسَاءَ فَعَلَيْهَا ۗ
وَمَا رَبُّكَ بِظَلَّامٍ لِلْعَبِيدِ ﴿٤٧﴾
إِلَيْهِ يُرَدُّ عِلْمُ السَّاعَةِ ۚ وَمَا تَخْرُجُ مِنْ ثَمَرَاتٍ
مِنْ أَكْمَامِهَا وَمَا تَحْمِلُ مِنْ أُنْثَىٰ وَلَا تَضَعُ
إِلَّا بِعِلْمِهِ ۚ وَيَوْمَ يُنَادِيهِمْ أَيْنَ شُرَكَائِي قَالُوا
آذَنَّاكَ مَا مِنَّا مِنْ شَهِيدٍ ﴿٤٨﴾
وَضَلَّ عَنْهُمْ مَا كَانُوا يَدْعُونَ مِنْ قَبْلُ ۖ وَظَنُّوا
مَا لَهُمْ مِنْ مَحِيصٍ ﴿٤٩﴾
لَا يَسْأَمُ الْإِنْسَانُ مِنْ دُعَاءِ الْخَيْرِ وَإِنْ مَسَّهُ الشَّرُّ
فَيَئُوسٌ قَنُوطٌ ﴿٥٠﴾
وَلَئِنْ أَذَقْنَاهُ رَحْمَةً مِنَّا مِنْ بَعْدِ ضَرَّاءَ مَسَّتْهُ
لَيَقُولَنَّ هَٰذَا لِي وَمَا أَظُنُّ السَّاعَةَ قَائِمَةً وَلَئِنْ
رُجِعْتُ إِلَىٰ رَبِّي إِنَّ لِي عِنْدَهُ لَلْحُسْنَىٰ ۚ فَلَنُنَبِّئَنَّ
الَّذِينَ كَفَرُوا بِمَا عَمِلُوا وَلَنُذِيقَنَّهُمْ مِنْ عَذَابٍ
غَلِيظٍ ﴿٥١﴾
وَإِذَا أَنْعَمْنَا عَلَى الْإِنْسَانِ أَعْرَضَ وَنَأَىٰ بِجَانِبِهِ
وَإِذَا مَسَّهُ الشَّرُّ فَذُو دُعَاءٍ عَرِيضٍ ﴿٥٢﴾

53. Diru: "Pripensu! Se la Korano venas de Allah, kaj vi ne kredas al ĝi, – kiu estas pli eraranta ol tiu, kiu estas malproksimega? ".

قُلْ أَرَءَيْتُمْ إِن كَانَ مِنْ عِندِ ٱللَّهِ ثُمَّ كَفَرْتُم
بِهِۦ مَنْ أَضَلُّ مِمَّنْ هُوَ فِى شِقَاقٍۭ بَعِيدٍ ﴿٥٣﴾

54. Baldaŭ Ni montros Niajn signojn en ĉiuj regionoj kaj en ili mem, ĝis klariĝos por ili, ke ĝi estas la vero. Ĉu do ne sufiĉas, ke via Sinjoro estas atestanto de ĉiuj aferoj?

سَنُرِيهِمْ ءَايَٰتِنَا فِى ٱلْءَافَاقِ وَفِىٓ أَنفُسِهِمْ حَتَّىٰ
يَتَبَيَّنَ لَهُمْ أَنَّهُ ٱلْحَقُّ ۗ أَوَلَمْ يَكْفِ بِرَبِّكَ أَنَّهُۥ
عَلَىٰ كُلِّ شَىْءٍ شَهِيدٌ ﴿٥٤﴾

55. Aŭskultu! Ili estas en dubo pri la renkonto kun sia Sinjoro. Aŭskultu! Li ĉirkaŭas ĉiujn aferojn!

أَلَآ إِنَّهُمْ فِى مِرْيَةٍ مِّن لِّقَآءِ رَبِّهِمْ ۗ أَلَآ إِنَّهُۥ
بِكُلِّ شَىْءٍ مُّحِيطٌۢ ﴿٥٥﴾ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ①

2. Hā Mīm.**

حم ②

3. 'Ajn Sīn Kāf.***

عسق ③

4. Tion revelaciis al vi, kaj al tiuj, kiuj estis antaŭ vi, Allah, la Ĉiopova, la Saĝa.

كَذَٰلِكَ يُوحِي إِلَيْكَ وَإِلَى الَّذِينَ مِنْ قَبْلِكَ اللَّهُ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ④

5. Al Li apartenas, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero, kaj Li estas la Eminenta, la Grandega.

لَهُ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ وَهُوَ الْعَلِيُّ الْعَظِيمُ ⑤

6. Preskaŭ fendiĝus la ĉieloj de supre, dum la anĝeloj gloregas sian Sinjoron per sia laŭdego kaj petas pardonon por tiuj, kiuj estas sur la tero. Aŭskultu! Vere Allah estas la Senkulpigema, la Pardonema.

تَكَادُ السَّمَاوَاتُ يَتَفَطَّرْنَ مِنْ فَوْقِهِنَّ وَالْمَلَائِكَةُ يُسَبِّحُونَ بِحَمْدِ رَبِّهِمْ وَيَسْتَغْفِرُونَ لِمَنْ فِي الْأَرْضِ أَلَا إِنَّ اللَّهَ هُوَ الْغَفُورُ الرَّحِيمُ ⑥

7. Super tiuj, kiuj prenas al si aliajn protektantojn ol Lin, Allah estas gardanto, kaj vi ne estas gardanto super ili.

وَالَّذِينَ اتَّخَذُوا مِنْ دُونِهِ أَوْلِيَاءَ اللَّهُ حَفِيظٌ عَلَيْهِمْ وَمَا أَنْتَ عَلَيْهِمْ بِوَكِيلٍ ⑦

8. Tiel Ni revelaciis al vi la Koranon araban, por ke vi admonu la Patrinon de la Urboj**** kaj ĉiujn ĉirkaŭ ĝi, por ke vi admonu ilin pri la tago de la unuiĝo, pri kiu ne ekzistas dubo. Iuj el ili estos en la Paradizo kaj aliaj estos en la flamoj.

وَكَذَٰلِكَ أَوْحَيْنَا إِلَيْكَ قُرْآنًا عَرَبِيًّا لِتُنْذِرَ أُمَّ الْقُرَىٰ وَمَنْ حَوْلَهَا وَتُنْذِرَ يَوْمَ الْجَمْعِ لَا رَيْبَ فِيهِ فَرِيقٌ فِي الْجَنَّةِ وَفَرِيقٌ فِي السَّعِيرِ ⑧

9. Se Allah estus volinta, Li povus fari el ili unu popolon. Li tamen enirigas, kiun Li volas, en Sian kompaton. Por la malpieguloj ne estos protektanto nek helpanto.

وَلَوْ شَاءَ اللَّهُ لَجَعَلَهُمْ أُمَّةً وَاحِدَةً وَلَٰكِنْ يُدْخِلُ مَنْ يَشَاءُ فِي رَحْمَتِهِ وَالظَّالِمُونَ مَا لَهُمْ مِنْ وَلِيٍّ وَلَا نَصِيرٍ ⑨

أَمِ اتَّخَذُوا مِنْ دُونِهِ أَوْلِيَاءَ فَاللَّهُ هُوَ الْوَلِيُّ

---

* v. la verson 39an
** Laŭdegenda, Ĉioscia!
*** Ĉiokona, Ĉioaŭda, Ĉiopova!
**** Mekko

10. Ĉu ili prenis al si protektantojn anstataŭ Lin? Allah tamen estas la ununura Protektanto, kaj Li vivigas la mortintojn, kaj Li havas povon super ĉiuj aferoj.

11. Pri kio ajn vi malkonsentas, la verdikto pri ĝi estas nur ĉe Allah. Tiu estas Allah, mia Sinjoro; je Li mi konfidas kaj al Li mi turnas min.

12. La Kreinto de la ĉieloj kaj de la tero. El vi mem Li kreis edzinojn por vi kaj li kreis parojn el la bestaro. Per tio Li plimultigas vin. Nenio ekzistas simila al Li, kaj Li estas la Ĉioaŭda, la Ĉiovida.

13. Al Li apartenas al ŝlosiloj de la ĉieloj kaj de la tero. Li pliigas kaj malpliigas la provizaĵojn, por kiu Li volas. Li konas ĉiujn aferojn.

14. Li dekretis por vi pri la religio, kion Li jam ordonis al Noa, kaj kion Ni revelaciis al vi, kaj kion Ni konfidis al Abraham kaj al Moseo kaj al Jesuo: ke vi estu persistaj pri la religio, kaj ne disiĝu pri ĝi. Malforta estas por la idolanoj tio, al kio vi vokas ilin, sed Allah elektas por ĝi, kiun Li volas, kaj Li gvidas al ĝi tiun, kiu konvertiĝis.

15. Ili disiĝis en skismon nur, post kiam la vera scio venis al ili, pro reciproka envio. Se ne estus eldirita la vorto de via Sinjoro pri iu difinita limtempo, certe estus juĝite inter ili. Vere tiuj, al kiuj post ili estis donita la Libro kiel heredaĵo, estas en maltrankviliga dubo pri ĝi.

16. Al ĉi tiu kredo vi do alvoku ilin, kaj estu persista, kiel estis ordonite al vi, kaj ne sekvu iliajn malbonajn pasiojn, sed diru: "Mi kredas al la Libro, kiu ajn ĝi estas, kiun Allah sendis, kaj al mi estas ordonite juĝi juste inter vi. Allah estas nia Sinjoro kaj via Sinjoro. Por ni estas niaj faroj kaj por vi estas viaj faroj. Ne estu disputo inter ni kaj vi. Allah kunvenigos nin kaj al Li estos la reveno".

وَهُوَ يُحْيِ الْمَوْتٰى وَهُوَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ۝١٠
وَمَا اخْتَلَفْتُمْ فِيهِ مِنْ شَيْءٍ فَحُكْمُهُ إِلَى اللّٰهِ
ذٰلِكُمُ اللّٰهُ رَبِّي عَلَيْهِ تَوَكَّلْتُ وَإِلَيْهِ أُنِيبُ ۝١١
فَاطِرُ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ جَعَلَ لَكُمْ مِنْ أَنْفُسِكُمْ
أَزْوَاجًا وَمِنَ الْأَنْعَامِ أَزْوَاجًا يَذْرَؤُكُمْ فِيهِ
لَيْسَ كَمِثْلِهِ شَيْءٌ وَهُوَ السَّمِيعُ الْبَصِيرُ ۝١٢
لَهُ مَقَالِيدُ السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ يَبْسُطُ الرِّزْقَ
لِمَنْ يَشَاءُ وَيَقْدِرُ إِنَّهُ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمٌ ۝١٣
شَرَعَ لَكُمْ مِنَ الدِّينِ مَا وَصّٰى بِهِ نُوحًا وَالَّذِي
أَوْحَيْنَا إِلَيْكَ وَمَا وَصَّيْنَا بِهِ إِبْرٰهِيمَ وَمُوسٰى
وَعِيسٰى أَنْ أَقِيمُوا الدِّينَ وَلَا تَتَفَرَّقُوا فِيهِ كَبُرَ
عَلَى الْمُشْرِكِينَ مَا تَدْعُوهُمْ إِلَيْهِ اللّٰهُ يَجْتَبِي
إِلَيْهِ مَنْ يَشَاءُ وَيَهْدِي إِلَيْهِ مَنْ يُنِيبُ ۝١٤
وَمَا تَفَرَّقُوا إِلَّا مِنْ بَعْدِ مَا جَاءَهُمُ الْعِلْمُ
بَغْيًا بَيْنَهُمْ وَلَوْلَا كَلِمَةٌ سَبَقَتْ مِنْ رَبِّكَ
إِلٰى أَجَلٍ مُسَمًّى لَقُضِيَ بَيْنَهُمْ وَإِنَّ الَّذِينَ
أُورِثُوا الْكِتٰبَ مِنْ بَعْدِهِمْ لَفِي شَكٍّ مِنْهُ مُرِيبٍ ۝١٥
فَلِذٰلِكَ فَادْعُ وَاسْتَقِمْ كَمَا أُمِرْتَ وَلَا تَتَّبِعْ
أَهْوَاءَهُمْ وَقُلْ آمَنْتُ بِمَا أَنْزَلَ اللّٰهُ مِنْ كِتٰبٍ
وَأُمِرْتُ لِأَعْدِلَ بَيْنَكُمُ اللّٰهُ رَبُّنَا وَرَبُّكُمْ
لَنَا أَعْمَالُنَا وَلَكُمْ أَعْمَالُكُمْ لَا حُجَّةَ بَيْنَنَا وَ
بَيْنَكُمُ اللّٰهُ يَجْمَعُ بَيْنَنَا وَإِلَيْهِ الْمَصِيرُ ۝١٦

17. Pri tiuj, kiuj disputas pri Allah, post kiam ili estas submetiĝintaj al Li: ilia disputo estas vana antaŭ ilia Sinjoro: kontraŭ ili estos la kolero kaj por ili estos severa puno.

وَالَّذِينَ يُحَاجُّونَ فِي اللَّهِ مِنْ بَعْدِ مَا اسْتُجِيبَ
لَهُ حُجَّتُهُمْ دَاحِضَةٌ عِنْدَ رَبِّهِمْ وَعَلَيْهِمْ
غَضَبٌ وَلَهُمْ عَذَابٌ شَدِيدٌ ﴿١٧﴾

18. Estas Allah Tiu, kiu sendis la Libron, kun la vero, kaj kiel mezurilon. Kiel vi povas scii, ĉu la Horo estas proksima?

اللَّهُ الَّذِي أَنْزَلَ الْكِتَابَ بِالْحَقِّ وَالْمِيزَانَ ۗ وَمَا
يُدْرِيكَ لَعَلَّ السَّاعَةَ قَرِيبٌ ﴿١٨﴾

19. Tiuj, kiuj ne kredas je ĝi, volus akceli ĝin, kaj tiuj, kiuj kredas, timas ĝin kaj ili scias, ke ĝi estas la vero. Aŭskultu! Tiuj, kiuj dubas pri la Horo, vere estas malproksimegaj en la eraro.

يَسْتَعْجِلُ بِهَا الَّذِينَ لَا يُؤْمِنُونَ بِهَا ۖ وَالَّذِينَ
آمَنُوا مُشْفِقُونَ مِنْهَا وَيَعْلَمُونَ أَنَّهَا الْحَقُّ ۗ
أَلَا إِنَّ الَّذِينَ يُمَارُونَ فِي السَّاعَةِ لَفِي ضَلَالٍ
بَعِيدٍ ﴿١٩﴾

20. Allah estas malsevera kontraŭ Siaj servantoj. Li provizas, kiun Li volas. Li estas la Fortega, la Ĉiopova.

اللَّهُ لَطِيفٌ بِعِبَادِهِ يَرْزُقُ مَنْ يَشَاءُ ۖ وَهُوَ
الْقَوِيُّ الْعَزِيزُ ﴿٢٠﴾

21. Kiu deziras la rikolton de la vivo venonta, al tiu Ni pliigas lian rikolton, kaj, kiu deziras la rikolton de ĉi tiu vivo, al tiu Ni donas iom da ĝi, sed li ne partoprenos en la vivo venonta.

مَنْ كَانَ يُرِيدُ حَرْثَ الْآخِرَةِ نَزِدْ لَهُ فِي حَرْثِهِ ۖ
وَمَنْ كَانَ يُرِيدُ حَرْثَ الدُّنْيَا نُؤْتِهِ مِنْهَا وَ
مَا لَهُ فِي الْآخِرَةِ مِنْ نَصِيبٍ ﴿٢١﴾

22. Ĉu ili havas idolojn, kiuj dekretis por ili iun ajn kredon, kiun Allah ne ordonis? Se ne estus eldirita la vorto, inter ili jam estus juĝite, kaj certe por la malpieguloj estos dolora puno.

أَمْ لَهُمْ شُرَكَاءُ شَرَعُوا لَهُمْ مِنَ الدِّينِ مَا لَمْ يَأْذَنْ
بِهِ اللَّهُ ۚ وَلَوْلَا كَلِمَةُ الْفَصْلِ لَقُضِيَ بَيْنَهُمْ ۗ وَ
إِنَّ الظَّالِمِينَ لَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٢٢﴾

23. Vi vidos la malpiegulojn timi pro tio, kion ili meritis, kaj ĝi certe refalos sur ilin, sed tiuj, kiuj kredis kaj bonfaris, eniros en la herbejojn de la Paradizo. Ili posedos ĉion, kion ili deziras, apud sia Sinjoro. Tio estas la granda graco.

تَرَى الظَّالِمِينَ مُشْفِقِينَ مِمَّا كَسَبُوا وَهُوَ وَاقِعٌ
بِهِمْ ۗ وَالَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ فِي رَوْضَاتِ
الْجَنَّاتِ ۖ لَهُمْ مَا يَشَاءُونَ عِنْدَ رَبِّهِمْ ۚ ذَٰلِكَ هُوَ
الْفَضْلُ الْكَبِيرُ ﴿٢٣﴾

24. Estas tio, pri kio Allah donas la bonan novaĵon al Siaj servantoj, kiuj kredas kaj bonfaras. Diru: "Mi ne volas iun ajn rekompencon pro tio, krom la amo al la parencoj".

ذَٰلِكَ الَّذِي يُبَشِّرُ اللَّهُ عِبَادَهُ الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا

Kiu plenumas bonan agon, por tiu Ni faras ĝin eĉ pli bona. Vere Allah estas senkulpigema, indulgema.

الصّٰلِحٰتِ ۗ قُلْ لَّآ اَسْـَٔلُكُمْ عَلَيْهِ اَجْرًا اِلَّا الْمَوَدَّةَ
فِي الْقُرْبٰى ۗ وَمَنْ يَّقْتَرِفْ حَسَنَةً نَّزِدْ لَهٗ فِيْهَا
حُسْنًا ۗ اِنَّ اللّٰهَ غَفُوْرٌ شَكُوْرٌ ﴿٢٤﴾

25. Ĉu ili diras: ''Li elpensis mensogon kontraŭ Allah''? Se Allah volus Li povus sigeli vian koron. Allah tamen forigas la falson kaj gardas la veron per Sia vorto. Vere Li konas la internon de la brustoj.

اَمْ يَقُوْلُوْنَ افْتَرٰى عَلَى اللّٰهِ كَذِبًا ۚ فَاِنْ يَّشَاِ اللّٰهُ
يَخْتِمْ عَلٰى قَلْبِكَ ۗ وَيَمْحُ اللّٰهُ الْبَاطِلَ وَيُحِقُّ الْحَقَّ
بِكَلِمٰتِهٖ ۗ اِنَّهٗ عَلِيْمٌ ۢبِذَاتِ الصُّدُوْرِ ﴿٢٥﴾

26. Estas Li Tiu, kiu akceptas la penton de Siaj servantoj kaj pardonas la pekojn kaj scias, kion vi faras.

وَهُوَ الَّذِيْ يَقْبَلُ التَّوْبَةَ عَنْ عِبَادِهٖ وَيَعْفُوْا
عَنِ السَّيِّاٰتِ وَيَعْلَمُ مَا تَفْعَلُوْنَ ﴿٢٦﴾

27. Li plenumas la peton de tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, kaj Li plialtigas ilin per Sia graco. Por la miskredantoj estos severa puno.

وَيَسْتَجِيْبُ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ وَيَزِيْدُهُمْ
مِّنْ فَضْلِهٖ ۗ وَالْكٰفِرُوْنَ لَهُمْ عَذَابٌ شَدِيْدٌ ﴿٢٧﴾

28. Se Allah pliigus por Siaj servantoj la vivtenon, ili malhumiliĝus sur la tero; Li tamen sendas ĝin moderece, kiel Li volas. Li vere bone konas kaj vidas Siajn servantojn.

وَلَوْ بَسَطَ اللّٰهُ الرِّزْقَ لِعِبَادِهٖ لَبَغَوْا فِي الْاَرْضِ
وَلٰكِنْ يُّنَزِّلُ بِقَدَرٍ مَّا يَشَآءُ ۗ اِنَّهٗ بِعِبَادِهٖ خَبِيْرٌ
بَصِيْرٌ ﴿٢٨﴾

29. Estas Li Tiu, kiu sendas la pluvon, post kiam ili malesperis, kaj kiu disdonas Sian favoron. Li estas la Protektanto, la Laŭdegenda.

وَهُوَ الَّذِيْ يُنَزِّلُ الْغَيْثَ مِنْ بَعْدِ مَا قَنَطُوْا
وَيَنْشُرُ رَحْمَتَهٗ ۗ وَهُوَ الْوَلِيُّ الْحَمِيْدُ ﴿٢٩﴾

30. Unu el Liaj signoj estas la kreo de la ĉieloj kaj de la tero kaj de ĉiuj vivantaj estaĵoj, kiujn Li dissendis en ilin ambaŭ. Li havas la povon por kunvenigi ilin, kiam Li volas.

وَمِنْ اٰيٰتِهٖ خَلْقُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَمَا بَثَّ
فِيْهِمَا مِنْ دَآبَّةٍ ۗ وَهُوَ عَلٰى جَمْعِهِمْ اِذَا يَشَآءُ
قَدِيْرٌ ﴿٣٠﴾ ع

31. Kio ajn trafas vin el la malfeliĉoj, tio okazas pro la faroj de viaj manoj. Li pardonas multe.

وَمَآ اَصَابَكُمْ مِّنْ مُّصِيْبَةٍ فَبِمَا كَسَبَتْ اَيْدِيْكُمْ
وَيَعْفُوْا عَنْ كَثِيْرٍ ﴿٣١﴾

32. Vi ne povas venki sur la tero. Krom Allah ne ekzistas por vi protektanto nek helpanto.

وَمَآ اَنْتُمْ بِمُعْجِزِيْنَ فِي الْاَرْضِ ۚ وَمَا لَكُمْ
مِّنْ دُوْنِ اللّٰهِ مِنْ وَّلِيٍّ وَّلَا نَصِيْرٍ ﴿٣٢﴾

33. Unu el Liaj signoj estas ankaŭ la ŝipoj, kiuj sulkas la maron kiel pintoj de montoj.

34. Se Li volas, Li povas moderigi la venton, por ke ili kuŝu senmovaj sur ĝia dorso – vere en tio estas signoj por ĉiu persistemulo, dankemulo –

35. aŭ Li povas dronigi ilin pro tio, kion la homoj meritis – Li pardonas multe –

36. kaj por ke tiuj, kiuj disputas pri Niaj revelacioj, komprenu, ke por ili ne estos rifuĝo.

37. Ĉio, kio estis donita al vi, estas nur nedaŭra ĝuado de ĉi tiu vivo. Kio troviĝas ĉe *Allah* estas pli bona kaj daŭra por tiuj, kiuj kredas kaj konfidas je sia Sinjoro,

38. kaj evitas la gravajn pekojn kaj la hontindaĵon kaj pardonas, kiam ili koleris,

39. kaj obeas sian Sinjoron kaj levas la preĝon, kaj kies agado estas objekto de reciproka konsiliĝo, kaj kiuj almozdonas el tio, kion Ni donis al ili,

40. kaj defendas sin nur, kiam trafas ilin malfeliĉo.

41. La repago por malbono estu egala malbono; por tiu tamen, kiu pardonas kaj estigas pliboniĝon, la rekompenco estas certa ĉe Allah. Vere Li ne amas la malbonfarantojn.

42. Kontraŭ tiu, kiu sin venĝas, kiam li ricevis maljustaĵon, ne estas kaŭzo por riproĉo,

43. tiu ĉi nur trafas tiujn, kiuj agas maljuste kontraŭ la homoj, kaj estas malpiegaj sur la tero kontraŭ la vero. Por ili estos dolora puno.

44. Kaj pri tiu, kiu paciencas kaj pardonas, sciu: tiuj estas signoj de forta spirito.

وَمِنْ اٰيٰتِهِ الْجَوَارِ فِي الْبَحْرِ كَالْاَعْلَامِ ﴿٣٣﴾
اِنْ يَّشَاْ يُسْكِنِ الرِّيْحَ فَيَظْلَلْنَ رَوَاكِدَ عَلٰى ظَهْرِهٖ ؕ
اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيٰتٍ لِّكُلِّ صَبَّارٍ شَكُوْرٍ ﴿٣٤﴾
اَوْ يُوْبِقْهُنَّ بِمَا كَسَبُوْا وَيَعْفُ عَنْ كَثِيْرٍ ﴿٣٥﴾
وَّيَعْلَمَ الَّذِيْنَ يُجَادِلُوْنَ فِيْٓ اٰيٰتِنَا ؕ مَا لَهُمْ مِّنْ
مَّحِيْصٍ ﴿٣٦﴾
فَمَآ اُوْتِيْتُمْ مِّنْ شَيْءٍ فَمَتَاعُ الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا ۚ
وَمَا عِنْدَ اللّٰهِ خَيْرٌ وَّاَبْقٰى لِلَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَلٰى
رَبِّهِمْ يَتَوَكَّلُوْنَ ﴿٣٧﴾
وَالَّذِيْنَ يَجْتَنِبُوْنَ كَبٰٓئِرَ الْاِثْمِ وَالْفَوَاحِشَ وَاِذَا
مَا غَضِبُوْا هُمْ يَغْفِرُوْنَ ﴿٣٨﴾
وَالَّذِيْنَ اسْتَجَابُوْا لِرَبِّهِمْ وَاَقَامُوا الصَّلٰوةَ وَاَمْرُهُمْ
شُوْرٰى بَيْنَهُمْ وَمِمَّا رَزَقْنٰهُمْ يُنْفِقُوْنَ ﴿٣٩﴾
وَالَّذِيْنَ اِذَآ اَصَابَهُمُ الْبَغْيُ هُمْ يَنْتَصِرُوْنَ ﴿٤٠﴾
وَجَزٰٓؤُا سَيِّئَةٍ سَيِّئَةٌ مِّثْلُهَا ۚ فَمَنْ عَفَا وَاَصْلَحَ
فَاَجْرُهٗ عَلَى اللّٰهِ ؕ اِنَّهٗ لَا يُحِبُّ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٤١﴾
وَلَمَنِ انْتَصَرَ بَعْدَ ظُلْمِهٖ فَاُولٰٓئِكَ مَا عَلَيْهِمْ مِّنْ
سَبِيْلٍ ﴿٤٢﴾
اِنَّمَا السَّبِيْلُ عَلَى الَّذِيْنَ يَظْلِمُوْنَ النَّاسَ وَيَبْغُوْنَ
فِي الْاَرْضِ بِغَيْرِ الْحَقِّ ؕ اُولٰٓئِكَ لَهُمْ عَذَابٌ اَلِيْمٌ ﴿٤٣﴾
وَلَمَنْ صَبَرَ وَغَفَرَ اِنَّ ذٰلِكَ لَمِنْ عَزْمِ الْاُمُوْرِ ﴿٤٤﴾
وَمَنْ يُّضْلِلِ اللّٰهُ فَمَا لَهٗ مِنْ وَّلِيٍّ مِّنْ بَعْدِهٖ ؕ

45. Por tiu, kiun Allah lasas erari, ne estas protektanto post Li, kaj vi vidos la malpieguloj diri, vidinte la punon: "Ĉu do ne ekzistas vojo por la reveno? "

46. kaj vi vidos ilin destinitaj al la fajro, humiligitaj pro la honto, rigardantaj per kaŝita rigardo. La kredantoj tamen diros: "Malgajnantoj vere estas tiuj, kiuj perdas sin mem kaj siajn familiojn en la tago de la reviviĝo". Aŭskultu! Vere la malpieguloj estas en daŭra turmento,

47. kaj por ili ne estas subtenantoj, kiuj povus helpi ilin kontraŭ Allah. Por tiu, kiun Allah lasas erari, ne ekzistas vojoj.

48. Obeu vian Sinjoron, antaŭ ol venos la tago, de kiu ne eblas fuĝi kontraŭ Allah. En tiu tago ne estos por vi rifuĝejo kaj ne estos eble negi.

49. Se ili tamen turnas sin for, sciu: vere Ni ne sendis vin kiel gardanton super ili. Vi nur havas la taskon de la proklamado. Kiam do Ni al la homoj gustumigas Nian kompaton, ili ĝojas pro tio. Kiam ilin tamen trafas malfeliĉo pro tio, kion iliaj manoj faris, tiam la homo estas sendanka.

50. Al Allah apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Li kreas, kion Li volas. Li donas knabinojn, al kiu Li volas, kaj Li donas knabojn, al kiu Li volas,

51. kaj Li donas ambaŭ, knabojn kaj knabinojn, kaj Li faras nefekunda, kiun Li volas; Li vere estas ĉioscia, ĉiopova.

52. Neniu homo havas iun ajn rajton, ke Allah parolu al li, krom en revelacio aŭ malantaŭ kurteno aŭ per la sendo de sendito*, por ke ĉi tiu malkaŝu per Lia ordono, kion Li volas. Vere Li estas eminenta, saĝa.

---

* Anĝelo

وَتَرَى الظّٰلِمِيْنَ لَمَّا رَاَوُا الْعَذَابَ يَقُوْلُوْنَ هَلْ
اِلٰى مَرَدٍّ مِّنْ سَبِيْلٍ ﴿٤٥﴾
وَتَرٰىهُمْ يُعْرَضُوْنَ عَلَيْهَا خٰشِعِيْنَ مِنَ الذُّلِّ
يَنْظُرُوْنَ مِنْ طَرْفٍ خَفِيٍّ وَقَالَ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْٓا
اِنَّ الْخٰسِرِيْنَ الَّذِيْنَ خَسِرُوْٓا اَنْفُسَهُمْ وَاَهْلِيْهِمْ
يَوْمَ الْقِيٰمَةِ اَلَآ اِنَّ الظّٰلِمِيْنَ فِيْ عَذَابٍ مُّقِيْمٍ ﴿٤٦﴾
وَمَا كَانَ لَهُمْ مِّنْ اَوْلِيَآءَ يَنْصُرُوْنَهُمْ مِّنْ دُوْنِ
اللّٰهِ وَمَنْ يُّضْلِلِ اللّٰهُ فَمَا لَهٗ مِنْ سَبِيْلٍ ﴿٤٧﴾
اِسْتَجِيْبُوْا لِرَبِّكُمْ مِّنْ قَبْلِ اَنْ يَّاْتِيَ يَوْمٌ لَّا مَرَدَّ
لَهٗ مِنَ اللّٰهِ مَا لَكُمْ مِّنْ مَّلْجَاٍ يَّوْمَئِذٍ وَّمَا لَكُمْ
مِّنْ نَّكِيْرٍ ﴿٤٨﴾
فَاِنْ اَعْرَضُوْا فَمَآ اَرْسَلْنٰكَ عَلَيْهِمْ حَفِيْظًا اِنْ عَلَيْكَ
اِلَّا الْبَلٰغُ وَاِنَّآ اِذَآ اَذَقْنَا الْاِنْسَانَ مِنَّا رَحْمَةً فَرِحَ
بِهَا وَاِنْ تُصِبْهُمْ سَيِّئَةٌ بِمَا قَدَّمَتْ اَيْدِيْهِمْ
فَاِنَّ الْاِنْسَانَ كَفُوْرٌ ﴿٤٩﴾
لِلّٰهِ مُلْكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ يَخْلُقُ مَا يَشَآءُ
يَهَبُ لِمَنْ يَّشَآءُ اِنَاثًا وَّيَهَبُ لِمَنْ يَّشَآءُ
الذُّكُوْرَ ﴿٥٠﴾
اَوْ يُزَوِّجُهُمْ ذُكْرَانًا وَّاِنَاثًا وَيَجْعَلُ مَنْ يَّشَآءُ
عَقِيْمًا اِنَّهٗ عَلِيْمٌ قَدِيْرٌ ﴿٥١﴾
وَمَا كَانَ لِبَشَرٍ اَنْ يُّكَلِّمَهُ اللّٰهُ اِلَّا وَحْيًا اَوْ مِنْ
وَّرَآئِ حِجَابٍ اَوْ يُرْسِلَ رَسُوْلًا فَيُوْحِيَ بِاِذْنِهٖ

53. Tiel Ni revelaciis al vi la spiriton per Nia dekreto. Vi ankoraŭ ne sciis, kio estas la Libro kaj kio estas la kredo, kaj Ni faris ĝin lumo, per kiu Ni gvidas, el Niaj servantoj, kiun Ni volas. Vere vi certe gvidos ilin sur la rektan vojon,

54. sur la vojon de Allah, al kiu apartenas ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Aŭskultu! Al Allah revenos ĉiuj aferoj.

مَا يَشَآءُ ۚ اِنَّهٗ عَلِيٌّ حَكِيْمٌ ﴿٥٢﴾
وَكَذٰلِكَ اَوْحَيْنَآ اِلَيْكَ رُوْحًا مِّنْ اَمْرِنَا ۭ مَا كُنْتَ
تَدْرِيْ مَا الْكِتٰبُ وَلَا الْاِيْمَانُ وَلٰكِنْ جَعَلْنٰهُ
نُوْرًا نَّهْدِيْ بِهٖ مَنْ نَّشَآءُ مِنْ عِبَادِنَا ۭ وَاِنَّكَ
لَتَهْدِيْٓ اِلٰى صِرَاطٍ مُّسْتَقِيْمٍ ﴿٥٣﴾
صِرَاطِ اللّٰهِ الَّذِيْ لَهٗ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ ۭ
اَلَآ اِلَى اللّٰهِ تَصِيْرُ الْاُمُوْرُ ﴿٥٤﴾ ع

سُوْرَةُ الزُّخْرُفِ مَكِّيَّةٌ (٤٣)

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Hā Mīm.**

3. Per la klara Libro!

4. Vere Ni faris ĝin Skribo ofte legata en lingvo araba, por ke vi komprenu.

5. Vere ĝi estas, en la originalo de la Libro, kiu estas ĉe Ni, eminenta, plena de saĝeco.

6. Ĉu Ni devas tute forigi de vi la admonon, ĉar vi estas popolo ekscesanta?

7. Kiom da profetoj Ni sendis al la antaŭaj nacioj!

8. Ĉiam, kiam venis al ili profeto, ili kutimis moki lin,

9. tial Ni neniigis tiujn, kiuj estis pli fortaj ol ĉi tiuj je povo. La ekzemplo por la prapatroj jam estiĝis.

10. Se vi demandas ilin: "Kiu kreis la ĉielojn kaj la teron? ", ili certe diros: "Ilin kreis la Ĉiopova, la Ĉioscia".

11. Tiu, kiu faris por vi el la tero kvazaŭ lulilon kaj estigis sur ĝi vojojn, por ke vi estu gvidataj,

12. kaj sendas el la nuboj akvon, laŭ mezuro, per kiu Ni revekas al la vivo senvivan teron — tiel ankaŭ vi revekiĝos —

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
حٰمٓ ②
وَالْكِتٰبِ الْمُبِيْنِ ③
اِنَّا جَعَلْنٰهُ قُرْءٰنًا عَرَبِيًّا لَّعَلَّكُمْ تَعْقِلُوْنَ ④
وَاِنَّهٗ فِيْۤ اُمِّ الْكِتٰبِ لَدَيْنَا لَعَلِيٌّ حَكِيْمٌ ⑤
اَفَنَضْرِبُ عَنْكُمُ الذِّكْرَ صَفْحًا اَنْ كُنْتُمْ قَوْمًا مُّسْرِفِيْنَ ⑥
وَكَمْ اَرْسَلْنَا مِنْ نَّبِيٍّ فِي الْاَوَّلِيْنَ ⑦
وَمَا يَاْتِيْهِمْ مِّنْ نَّبِيٍّ اِلَّا كَانُوْا بِهٖ يَسْتَهْزِءُوْنَ ⑧
فَاَهْلَكْنَاۤ اَشَدَّ مِنْهُمْ بَطْشًا وَّمَضٰى مَثَلُ الْاَوَّلِيْنَ ⑨
وَلَئِنْ سَاَلْتَهُمْ مَّنْ خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ
لَيَقُوْلُنَّ خَلَقَهُنَّ الْعَزِيْزُ الْعَلِيْمُ ⑩
الَّذِيْ جَعَلَ لَكُمُ الْاَرْضَ مَهْدًا وَّجَعَلَ لَكُمْ
فِيْهَا سُبُلًا لَّعَلَّكُمْ تَهْتَدُوْنَ ⑪
وَالَّذِيْ نَزَّلَ مِنَ السَّمَآءِ مَآءً ۢبِقَدَرٍ ۚ فَاَنْشَرْنَا
بِهٖ بَلْدَةً مَّيْتًا ۚ كَذٰلِكَ تُخْرَجُوْنَ ⑫
وَالَّذِيْ خَلَقَ الْاَزْوَاجَ كُلَّهَا وَجَعَلَ لَكُمْ مِّنَ
الْفُلْكِ وَالْاَنْعَامِ مَا تَرْكَبُوْنَ ⑬
لِتَسْتَوٗا عَلٰى ظُهُوْرِهٖ ثُمَّ تَذْكُرُوْا نِعْمَةَ رَبِّكُمْ
اِذَا اسْتَوَيْتُمْ عَلَيْهِ وَتَقُوْلُوْا سُبْحٰنَ الَّذِيْ سَخَّرَ

---

* v. la verson 36an

** Laŭdegenda, Ĉioscia!

13. kaj kiu kreis el ĉiuj specoj parojn, kaj kreis por vi ŝipojn kaj brutojn por ke vi vojaĝu sur ili,

14. por ke vi eksidu firme sur iliaj dorsoj, poste memoru la favoron de via Sinjoro, kiam vi eksidis sur ili kaj diru: "Sankta estas Tiu, kiu faris utila por ni ĉi tion, ĉar ni mem ne kapablus regi ĝin,

15. kaj al nia Sinjoro ni certe revenos".

16. Ili poste tamen aldonas al Li Liajn servantojn kiel idojn. Vere la homo estas evidenta sendankulo.

17. Ĉu Li prenis al si filinojn el tio, kion Li kreis, ĉu Li distingis vin per filoj?

18. Se al iu el ili estas sciigata tio, kion li atribuis al la Donema kiel similaĵon,* tiam lia vizaĝo fariĝas nigra, kaj li estas subpremata de aflikto.

19. Ĉu iu, kiu kreskis inter la luksaĵetoj kaj estas ĉiam en disputoj sen iu ajn tialo, povas esti atribuita al Dio?

20. Ili kredas la anĝelojn, kiuj estas servantoj de la Donema, inaj estaĵoj. Ĉu ili eble ĉeestis okaze de ilia kreo? Ilia atesto estas enskribita kaj ili estos pridemanditaj.

21. Ili diras: "Se la Donema estus volinta, ni ne adorus ilin". Pri tio ili ne havas iun ajn scion: ili nur supozas.

22. Ĉu Ni donis antaŭ tiu ĉi alian Libron, je kiu ili sin tenas?

23. Ne! Ili diras: "Ni vere trovis niajn patrojn en religio kaj ni volas esti gvidataj per iliaj piedsignoj".

* t.e.: naskiĝo de filino

لنا هذا وما كنا له مقرنين ﴿١٤﴾
وإنا إلى ربنا لمنقلبون ﴿١٥﴾
وجعلوا له من عباده جزءا إن الإنسان لكفور
ع مبين ﴿١٦﴾
أم اتخذ مما يخلق بنات وأصفاكم بالبنين ﴿١٧﴾
وإذا بشر أحدهم بما ضرب للرحمن مثلا
ظل وجهه مسودا وهو كظيم ﴿١٨﴾
أومن ينشؤا في الحلية وهو في الخصام غير
مبين ﴿١٩﴾
وجعلوا الملائكة الذين هم عباد الرحمن إناثا
أشهدوا خلقهم ستكتب شهادتهم ويسألون ﴿٢٠﴾
وقالوا لو شاء الرحمن ما عبدناهم ما لهم
بذلك من علم إن هم إلا يخرصون ﴿٢١﴾
أم آتيناهم كتابا من قبله فهم به مستمسكون ﴿٢٢﴾
بل قالوا إنا وجدنا آباءنا على أمة وإنا على آثارهم
مهتدون ﴿٢٣﴾
وكذلك ما أرسلنا من قبلك في قرية من نذير
إلا قال مترفوها إنا وجدنا آباءنا على أمة و
إنا على آثارهم مقتدون ﴿٢٤﴾
قل أولو جئتكم بأهدى مما وجدتم عليه
آباءكم قالوا إنا بما أرسلتم به كافرون ﴿٢٥﴾
فانتقمنا منهم فانظر كيف كان عاقبة

24. Tiel, kiam Ni sendis antaŭe en iun ajn urbon admonanton, ĉiam diris la riĉuloj en ĝi: "Ni vere trovis niajn patrojn en religio kaj ni certe sekvas iliajn piedsignojn".

25. Ilia gardanto diris: "Kiel? Eĉ se ĝi alportas pli bonan gvidilon ol tiu, en kiu vi trovis viajn patrojn? ". Ili diras: "Ni certe rifuzas tion, kun kio vi estas senditaj".

26. Tial Ni repagis ilin. Vidu nun, kiel estis la puno de la negantoj!

27. Memoru, kiam Abraham diris al sia patro kaj al sia popolo: "Vere mi ne akceptas tion, kion vi adoras

28. anstataŭ Tiun, kiu kreis min. Li vere gvidos min"

29. kaj li faris tion daŭra leĝo por sia idaro, por ke ili konvertiĝu.

30. Ne! Malgraŭ tio Mi lasis ilin kaj iliajn patrojn ĝui la vivon, ĝis venis al ili la vero per klariga sendito.

31. Kiam venis al ili la vero, ili tamen diris: "Ĉi tio estas magio, kaj ni rifuzas ĝin"

32. kaj ili diris: "Kial ĉi tiu Korano ne estis sendita al iu eminentulo el la du urboj? ".*

33. Ĉu estas ilia tasko disdoni la favoron de via Sinjoro? Ni mem disdonas inter ili ilian vivtenon en ĉi tiu vivo, kaj Ni plialtigas iujn el ili super aliaj en hierarkio, por ke la unuaj prenu la aliajn sub sian protekton, kaj la kompato de via Sinjoro estas pli bona ol tio, kion ili amasigas.

34. Se ne estus necese malhelpi la homojn fariĝi ĉiuj egalaj, Ni estus doninta al tiuj, kiuj ne kredas je la Donema, arĝentajn tegmentojn por iliaj domoj kaj ŝtuparojn por supreniri al ili

* Tā'if kaj Mekko

ع الْمُكَذِّبِيْنَ ٢٦
وَإِذْ قَالَ إِبْرٰهِيْمُ لِأَبِيْهِ وَقَوْمِهٖٓ إِنَّنِيْ بَرَآءٌ
مِّمَّا تَعْبُدُوْنَ ٢٧
إِلَّا الَّذِيْ فَطَرَنِيْ فَإِنَّهٗ سَيَهْدِيْنِ ٢٨
وَجَعَلَهَا كَلِمَةًۢ بَاقِيَةً فِيْ عَقِبِهٖ لَعَلَّهُمْ يَرْجِعُوْنَ ٢٩
بَلْ مَتَّعْتُ هٰٓؤُلَآءِ وَاٰبَآءَهُمْ حَتّٰى جَآءَهُمُ الْحَقُّ
وَرَسُوْلٌ مُّبِيْنٌ ٣٠
وَلَمَّا جَآءَهُمُ الْحَقُّ قَالُوْا هٰذَا سِحْرٌ وَّإِنَّا بِهٖ
كٰفِرُوْنَ ٣١
وَقَالُوْا لَوْلَا نُزِّلَ هٰذَا الْقُرْاٰنُ عَلٰى رَجُلٍ مِّنَ الْقَرْيَتَيْنِ
عَظِيْمٍ ٣٢
أَهُمْ يَقْسِمُوْنَ رَحْمَتَ رَبِّكَ ۚ نَحْنُ قَسَمْنَا بَيْنَهُمْ
مَّعِيْشَتَهُمْ فِي الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا وَرَفَعْنَا بَعْضَهُمْ
فَوْقَ بَعْضٍ دَرَجٰتٍ لِّيَتَّخِذَ بَعْضُهُمْ بَعْضًا سُخْرِيًّا ۗ
وَرَحْمَتُ رَبِّكَ خَيْرٌ مِّمَّا يَجْمَعُوْنَ ٣٣
وَلَوْلَآ أَنْ يَّكُوْنَ النَّاسُ أُمَّةً وَّاحِدَةً لَّجَعَلْنَا لِمَنْ
يَّكْفُرُ بِالرَّحْمٰنِ لِبُيُوْتِهِمْ سُقُفًا مِّنْ فِضَّةٍ وَّمَعَارِجَ
عَلَيْهَا يَظْهَرُوْنَ ٣٤
وَلِبُيُوْتِهِمْ أَبْوَابًا وَّسُرُرًا عَلَيْهَا يَتَّكِـُٔوْنَ ٣٥
وَزُخْرُفًا ۚ وَإِنْ كُلُّ ذٰلِكَ لَمَّا مَتَاعُ الْحَيٰوةِ الدُّنْيَا ۚ
ع وَالْاٰخِرَةُ عِنْدَ رَبِّكَ لِلْمُتَّقِيْنَ ٣٦
وَمَنْ يَّعْشُ عَنْ ذِكْرِ الرَّحْمٰنِ نُقَيِّضْ لَهٗ شَيْطٰنًا

35. kaj pordojn por iliaj domoj kaj litojn por ripozi sur ili,

36. kaj ornamaĵojn el oro. Ĉio ĉi tamen estas nur ĝuado dum ĉi tiu vivo, sed la vivo venonta apud via Sinjoro estas por la justuloj.

37. Kiu tamen turnas sin for de la admono de la Donema, por tiu Ni destinis Satanon, por ke li estu lia kunulo.

38. Ili vere devojiĝas de la rekta vojo, sed ili opinias, ke ili estas rekte gvidataj,

39. ĝis iu tia venas al Ni kaj diras al sia kunulo: "Ho! se inter mi kaj vi estus la distanco, kiu estas inter Oriento kaj Okcidento!". Malbona kunulo li estas!

40. "En tiu tago neniom helpos, ke vi estas kunuloj en la puno, ĉar vi malbonfaris".

41. Ĉu vi eble kapablas igi la surdulojn aŭdi? Ĉu vi kapablas gvidi la blindulojn aŭ tiujn, kiuj troviĝas en evidenta eraro?

42. Se Ni forprenos vin, Ni certe repagos ilin,

43. aŭ Ni montros al vi tion, per kio Ni minacis ilin, ĉar Ni havas senliman povon super ili.

44. Tenu vin tial je tio, kio estis revelaciita al vi. Vi vere estas sur la rekta vojo.

45. Tio vere estas granda honoro por vi kaj por via popolo. Baldaŭ vi estos pridemanditaj.

46. Demandu tiujn el Niaj senditoj, kiujn Ni sendis antaŭ vi, ĉu Ni estigis aliajn Diojn anstataŭ la Donema, por ke oni adoru ilin.

47. Ni vere sendis Moseon kun Niaj signoj al Faraono kaj al liaj estroj, kaj li diris: "Mi vere estas sendito de la Sinjoro de l' Universo";

فَهُوَ لَهٗ قَرِيْنٌ ﴿٣٦﴾
وَاِنَّهُمْ لَيَصُدُّوْنَهُمْ عَنِ السَّبِيْلِ وَيَحْسَبُوْنَ اَنَّهُمْ
مُّهْتَدُوْنَ ﴿٣٧﴾
حَتّٰۤى اِذَا جَآءَنَا قَالَ يٰلَيْتَ بَيْنِيْ وَبَيْنَكَ بُعْدَ
الْمَشْرِقَيْنِ فَبِئْسَ الْقَرِيْنُ ﴿٣٨﴾
وَلَنْ يَّنْفَعَكُمُ الْيَوْمَ اِذْ ظَّلَمْتُمْ اَنَّكُمْ فِي الْعَذَابِ
مُشْتَرِكُوْنَ ﴿٣٩﴾
اَفَاَنْتَ تُسْمِعُ الصُّمَّ اَوْ تَهْدِي الْعُمْيَ وَمَنْ كَانَ
فِيْ ضَلٰلٍ مُّبِيْنٍ ﴿٤٠﴾
فَاِمَّا نَذْهَبَنَّ بِكَ فَاِنَّا مِنْهُمْ مُّنْتَقِمُوْنَ ﴿٤١﴾
اَوْ نُرِيَنَّكَ الَّذِيْ وَعَدْنٰهُمْ فَاِنَّا عَلَيْهِمْ مُّقْتَدِرُوْنَ ﴿٤٢﴾
فَاسْتَمْسِكْ بِالَّذِيْۤ اُوْحِيَ اِلَيْكَ ۚ اِنَّكَ عَلٰى صِرَاطٍ
مُّسْتَقِيْمٍ ﴿٤٣﴾
وَاِنَّهٗ لَذِكْرٌ لَّكَ وَلِقَوْمِكَ ۚ وَسَوْفَ تُسْـَٔلُوْنَ ﴿٤٤﴾
وَسْـَٔلْ مَنْ اَرْسَلْنَا مِنْ قَبْلِكَ مِنْ رُّسُلِنَاۤ اَجَعَلْنَا
ع مِنْ دُوْنِ الرَّحْمٰنِ اٰلِهَةً يُّعْبَدُوْنَ ﴿٤٦﴾
وَلَقَدْ اَرْسَلْنَا مُوْسٰى بِاٰيٰتِنَاۤ اِلٰى فِرْعَوْنَ وَمَلَا۟ئِهٖ
فَقَالَ اِنِّيْ رَسُوْلُ رَبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٤٧﴾
فَلَمَّا جَآءَهُمْ بِاٰيٰتِنَاۤ اِذَا هُمْ مِّنْهَا يَضْحَكُوْنَ ﴿٤٨﴾
وَمَا نُرِيْهِمْ مِّنْ اٰيَةٍ اِلَّا هِيَ اَكْبَرُ مِنْ اُخْتِهَا ۫ وَ
اَخَذْنٰهُمْ بِالْعَذَابِ لَعَلَّهُمْ يَرْجِعُوْنَ ﴿٤٩﴾
وَقَالُوْا يٰۤاَيُّهَ السّٰحِرُ ادْعُ لَنَا رَبَّكَ بِمَا عَهِدَ عِنْدَكَ

48. kiam li tamen venis al ili kun Niaj signoj, ili ridis pri li.

49. Ni nur montris Niajn signojn, kiuj estis ĉiam pli grandaj ol la antaŭaj, kaj Ni trafis ilin per turmentoj, por ke ili konvertiĝu,

50. sed ili diris: "Ho vi sorĉisto! Preĝu por ni al via Sinjoro laŭ tio, kion Li ordonis al vi, ĉar tiel ni estos gvidataj".

51. Kiam Ni poste forprenis de ili la turmentojn, ili tamen rompis sian promeson.

52. Faraono anoncis al sia popolo: "Ho mia popolo! Ĉu ne apartenas al mi la suvereneco de Egiptujo kaj de ĉi tiuj riveroj, kiuj fluas sub mi? Ĉu vi do ne vidas?

53. Ĉu mi do ne estas supera al tiu ĉi, kiu estas malŝatinda kaj preskaŭ ne kapablas esprimi sin kompreneble?

54. Kial do ne estas ĉirkaŭ liaj brakoj braceletoj el oro, aŭ ne venis anĝeloj kun li por akompani lin? ".

55. Tiel li instigis sian popolon al la malsaĝeco, kaj ili obeis lin. Vere ili estis malobeema popolo.

56. Tial Ni repagis ilin, kiam ili kolerigis Nin, kaj Ni dronigis ilin ĉiujn,

57. kaj Ni faris ilin pasintaĵo kaj ekzemplo por la posteuloj.

58. Kiam la filo de Maria estas priparolata kiel ekzemplo, jen! via popolo kriegas,

59. dirante: "Ĉu estas pli bonaj niaj Dioj aŭ li? ". Ili lin mencias al vi nur pro kontraŭdiremo. Ne! ili estas popolo disputema.

60. Li estis nur servanto, al kiu Ni kompatis, kaj Ni faris lin ekzemplo por la idoj de Izrael.

إِنَّنَا لَمُهْتَدُونَ ﴿٥٠﴾
فَلَمَّا كَشَفْنَا عَنْهُمُ الْعَذَابَ إِذَا هُمْ يَنْكُثُونَ ﴿٥١﴾
وَنَادَىٰ فِرْعَوْنُ فِي قَوْمِهِ قَالَ يَٰقَوْمِ أَلَيْسَ لِي
مُلْكُ مِصْرَ وَهَٰذِهِ الْأَنْهَٰرُ تَجْرِي مِنْ تَحْتِيٓ أَفَلَا
تُبْصِرُونَ ﴿٥٢﴾
أَمْ أَنَا خَيْرٌ مِنْ هَٰذَا الَّذِي هُوَ مَهِينٌ وَلَا يَكَادُ
يُبِينُ ﴿٥٣﴾
فَلَوْلَآ أُلْقِيَ عَلَيْهِ أَسْوِرَةٌ مِنْ ذَهَبٍ أَوْ جَآءَ مَعَهُ
الْمَلَٰٓئِكَةُ مُقْتَرِنِينَ ﴿٥٤﴾
فَاسْتَخَفَّ قَوْمَهُ فَأَطَاعُوهُ إِنَّهُمْ كَانُوا قَوْمًا فَٰسِقِينَ ﴿٥٥﴾
فَلَمَّآ ءَاسَفُونَا انْتَقَمْنَا مِنْهُمْ فَأَغْرَقْنَٰهُمْ أَجْمَعِينَ ﴿٥٦﴾
ع فَجَعَلْنَٰهُمْ سَلَفًا وَمَثَلًا لِلْءَاخِرِينَ ﴿٥٧﴾
وَلَمَّا ضُرِبَ ابْنُ مَرْيَمَ مَثَلًا إِذَا قَوْمُكَ مِنْهُ
يَصِدُّونَ ﴿٥٨﴾
وَقَالُوٓا ءَأَٰلِهَتُنَا خَيْرٌ أَمْ هُوَ مَا ضَرَبُوهُ لَكَ إِلَّا جَدَلًا
بَلْ هُمْ قَوْمٌ خَصِمُونَ ﴿٥٩﴾
إِنْ هُوَ إِلَّا عَبْدٌ أَنْعَمْنَا عَلَيْهِ وَجَعَلْنَٰهُ مَثَلًا لِبَنِيٓ
إِسْرَٰٓءِيلَ ﴿٦٠﴾
وَلَوْ نَشَآءُ لَجَعَلْنَا مِنْكُمْ مَلَٰٓئِكَةً فِي الْأَرْضِ
يَخْلُفُونَ ﴿٦١﴾
وَإِنَّهُ لَعِلْمٌ لِلسَّاعَةِ فَلَا تَمْتَرُنَّ بِهَا وَاتَّبِعُونِ
هَٰذَا صِرَٰطٌ مُسْتَقِيمٌ ﴿٦٢﴾

61. Se Ni volus, Ni povus estigi anĝelojn el via mezo por anstataŭi vin sur la tero.

62. Ĝi vere estas vera scio pri la Horo, do ne dubu pri ĝi, sed sekvu min. Tiu ĉi estas la rekta vojo.

63. Ne lasu Satanon devojigi vin. Li vere estas evidenta malamiko.

64. Kiam venis Jesuo kun evidentaj pruvoj, li diris: "Vere mi venas al vi kun la saĝo kaj por klarigi al vi tion, pri kio vi malkonsentas, do respektegu Allahon kaj obeu min.

65. Vere Allah estas mia Sinjoro kaj via Sinjoro, do adoru Lin. Tiu ĉi estas la rekta vojo".

66. La konfederacianoj tamen disiĝis en skismon inter si. Ve do al la malpieguloj pro la puno de la dolora tago!

67. Ili nur atendas, ĝis la Horo venos sur ilin neatendite kaj neperceptite.

68. La amikoj fariĝos en tiu tago malamikoj unu de la alia, krom la justuloj.

69. "Ho Miaj servantoj, en tiu tago ne estos timo por vi nek malgajeco,

70. por vi, kiuj kredis al Niaj revelacioj kaj submetiĝis!

71. Eniru en la Paradizon, vi kaj viaj edzinoj, feliĉaj! "

72. – rondiros por ili pokaloj el oro kaj kalikoj, kaj en tiuj estos ĉio, kion la animoj deziras kaj la okuloj ĝuegas – "Vi tie restos por ĉiam.

73. Tiu estas la Paradizo, de kiu vi estis faritaj heredantoj pro tio, kion vi faris,

74. en ĝi estas fruktoj abundaj por vi, por ke vi manĝu el ili".

وَلَا يَصُدَّنَّكُمُ الشَّيْطٰنُ ۚ إِنَّهٗ لَكُمْ عَدُوٌّ مُّبِيْنٌ ﴿٦٢﴾
وَلَمَّا جَآءَ عِيْسٰى بِالْبَيِّنٰتِ قَالَ قَدْ جِئْتُكُمْ بِالْحِكْمَةِ
وَلِأُبَيِّنَ لَكُمْ بَعْضَ الَّذِيْ تَخْتَلِفُوْنَ فِيْهِ ۚ
فَاتَّقُوا اللّٰهَ وَأَطِيْعُوْنِ ﴿٦٣﴾
إِنَّ اللّٰهَ هُوَ رَبِّيْ وَرَبُّكُمْ فَاعْبُدُوْهُ ۚ هٰذَا صِرَاطٌ
مُّسْتَقِيْمٌ ﴿٦٤﴾
فَاخْتَلَفَ الْأَحْزَابُ مِنْۢ بَيْنِهِمْ ۚ فَوَيْلٌ لِّلَّذِيْنَ
ظَلَمُوْا مِنْ عَذَابِ يَوْمٍ أَلِيْمٍ ﴿٦٥﴾
هَلْ يَنْظُرُوْنَ إِلَّا السَّاعَةَ أَنْ تَأْتِيَهُمْ بَغْتَةً وَّ
هُمْ لَا يَشْعُرُوْنَ ﴿٦٦﴾
اَلْأَخِلَّآءُ يَوْمَئِذٍۭ بَعْضُهُمْ لِبَعْضٍ عَدُوٌّ إِلَّا
الْمُتَّقِيْنَ ﴿٦٧﴾ ع
يٰعِبَادِ لَا خَوْفٌ عَلَيْكُمُ الْيَوْمَ وَلَآ أَنْتُمْ تَحْزَنُوْنَ ﴿٦٨﴾
اَلَّذِيْنَ اٰمَنُوْا بِاٰيٰتِنَا وَكَانُوْا مُسْلِمِيْنَ ﴿٦٩﴾
اُدْخُلُوا الْجَنَّةَ أَنْتُمْ وَأَزْوَاجُكُمْ تُحْبَرُوْنَ ﴿٧٠﴾
يُطَافُ عَلَيْهِمْ بِصِحَافٍ مِّنْ ذَهَبٍ وَّأَكْوَابٍ ۚ
وَفِيْهَا مَا تَشْتَهِيْهِ الْأَنْفُسُ وَتَلَذُّ الْأَعْيُنُ ۚ وَأَنْتُمْ
فِيْهَا خٰلِدُوْنَ ﴿٧١﴾
وَتِلْكَ الْجَنَّةُ الَّتِيْٓ أُوْرِثْتُمُوْهَا بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿٧٢﴾
لَكُمْ فِيْهَا فَاكِهَةٌ كَثِيْرَةٌ مِّنْهَا تَأْكُلُوْنَ ﴿٧٣﴾
إِنَّ الْمُجْرِمِيْنَ فِيْ عَذَابِ جَهَنَّمَ خٰلِدُوْنَ ﴿٧٤﴾
لَا يُفَتَّرُ عَنْهُمْ وَهُمْ فِيْهِ مُبْلِسُوْنَ ﴿٧٥﴾

75. Vere la kulpuloj restos por ĉiam en la turmento de l' Infero.
76. Ĝi ne estos mildigita por ili, kaj ili malesperos en ĝi.
77. Ni ne agis maljuste, sed ili estis maljustuloj.
78. Ili krios: "Ho estro, lasu vian Sinjoron neniigi nin! ", li tamen diros: "Vi certe devas resti,
79. ni certe portis al vi la veron, sed la plej multaj el vi malŝatis la veron".
80. Ĉu ili decidis pri iu ajn projekto? Ni ja jam decidis.
81. Ĉu ili do imagas, ke Ni ne aŭdas iliajn sekretojn kaj iliajn kaŝitajn paroladojn? Jes! Kaj Niaj senditoj ĉe ili ĉion registras.
82. Diru: "Se la Donema estus havinta filon, mi ja estus la unua adoranto".
83. Sankta estas la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero, la Sinjoro de l' Trono, Li estas eminenta super tio, kion ili asertas.
84. Lasu ilin babilaĉi kaj amuziĝi, ĝis ili renkontos la tagon, pri kiu estas minacite al ili.
85. Li estas Dio en la ĉielo kaj Dio sur la tero, kaj Li estas la Saĝa, la Ĉioscia.
86. Benata estu Tiu, al kiu apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ; ĉe Li estas la vera scio pri la Horo kaj al Li vi revenos.
87. Tiuj, kiujn vi alvokas anstataŭ Lin, ne havas la povon por propeti, krom tiu, kiu atestas la veron, kaj ili scias tion.
88. Se vi demandas ilin: "Kiu kreis ilin? ", ili certe diros: "Allah! ". Kial ili do turnas sin for?
89. Per lia vorto: "Ho mia Sinjoro! Ĉi tiu certe estas popolo, kiu ne volas kredi",
90. turnu vin for de ili kaj diru: "Pacon! ". Baldaŭ ili ekscios.

وَمَا ظَلَمْنٰهُمْ وَلٰكِنْ كَانُوْا هُمُ الظّٰلِمِيْنَ ﴿٧٧﴾
وَنَادَوْا يٰمٰلِكُ لِيَقْضِ عَلَيْنَا رَبُّكَ قَالَ اِنَّكُمْ مّٰكِثُوْنَ ﴿٧٨﴾
لَقَدْ جِئْنٰكُمْ بِالْحَقِّ وَلٰكِنَّ اَكْثَرَكُمْ لِلْحَقِّ كٰرِهُوْنَ ﴿٧٩﴾
اَمْ اَبْرَمُوْٓا اَمْرًا فَاِنَّا مُبْرِمُوْنَ ﴿٨٠﴾
اَمْ يَحْسَبُوْنَ اَنَّا لَا نَسْمَعُ سِرَّهُمْ وَنَجْوٰىهُمْ بَلٰى
وَرُسُلُنَا لَدَيْهِمْ يَكْتُبُوْنَ ﴿٨١﴾
قُلْ اِنْ كَانَ لِلرَّحْمٰنِ وَلَدٌ فَاَنَا اَوَّلُ الْعٰبِدِيْنَ ﴿٨٢﴾
سُبْحٰنَ رَبِّ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ رَبِّ الْعَرْشِ
عَمَّا يَصِفُوْنَ ﴿٨٣﴾
فَذَرْهُمْ يَخُوْضُوْا وَيَلْعَبُوْا حَتّٰى يُلٰقُوْا يَوْمَهُمُ الَّذِيْ
يُوْعَدُوْنَ ﴿٨٤﴾
وَهُوَ الَّذِيْ فِي السَّمَآءِ اِلٰهٌ وَّفِي الْاَرْضِ اِلٰهٌ وَ
هُوَ الْحَكِيْمُ الْعَلِيْمُ ﴿٨٥﴾
وَتَبٰرَكَ الَّذِيْ لَهٗ مُلْكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَ
مَا بَيْنَهُمَا وَعِنْدَهٗ عِلْمُ السَّاعَةِ وَاِلَيْهِ تُرْجَعُوْنَ ﴿٨٦﴾
وَلَا يَمْلِكُ الَّذِيْنَ يَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِهِ الشَّفَاعَةَ
اِلَّا مَنْ شَهِدَ بِالْحَقِّ وَهُمْ يَعْلَمُوْنَ ﴿٨٧﴾
وَلَئِنْ سَاَلْتَهُمْ مَّنْ خَلَقَهُمْ لَيَقُوْلُنَّ اللّٰهُ فَاَنّٰى
يُؤْفَكُوْنَ ﴿٨٨﴾
وَقِيْلِهٖ يٰرَبِّ اِنَّ هٰٓؤُلَآءِ قَوْمٌ لَّا يُؤْمِنُوْنَ ﴿٨٩﴾
فَاصْفَحْ عَنْهُمْ وَقُلْ سَلٰمٌ فَسَوْفَ يَعْلَمُوْنَ ﴿٩٠﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Hâ Mîm.**

3. Per la klara Libro!

4. Vere Ni sendis ĝin en sankta nokto – vere Ni ĉiam admonis –

5. kaj en ĝi estas klarigitaj detale ĉiuj saĝaj aferoj

6. laŭ Nia ordono. Ni vere ĉiam sendis senditojn

7. kiel favoron de via Sinjoro – Li vere estas la Ĉioaŭda, la Ĉioscia –

8. de la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ. Se nur vi estus firme kredintaj!

9. Ne ekzistas alia Dio ol Li. Li igas vivi kaj morti – via Sinjoro kaj la Sinjoro de viaj prapatroj –

10. Jen! Malgraŭ tio ili estas en dubo, ili amuziĝas.

11. Vi tamen atendu la tagon, en kiu la ĉielo elsendos klare videblan fumon,

12. kiu ĉirkaŭos la homojn. Tiu estos dolora turmento.

13. "Nia Sinjoro, forprenu de ni la turmenton. Ni vere kredas".

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ (١)

حمٓ (٢)

وَالْكِتَابِ الْمُبِينِ (٣)

إِنَّا أَنزَلْنَاهُ فِي لَيْلَةٍ مُّبَارَكَةٍ إِنَّا كُنَّا مُنذِرِينَ (٤)

فِيهَا يُفْرَقُ كُلُّ أَمْرٍ حَكِيمٍ (٥)

أَمْرًا مِّنْ عِندِنَا إِنَّا كُنَّا مُرْسِلِينَ (٦)

رَحْمَةً مِّن رَّبِّكَ إِنَّهُ هُوَ السَّمِيعُ الْعَلِيمُ (٧)

رَبِّ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ وَمَا بَيْنَهُمَا إِن كُنتُم مُّوقِنِينَ (٨)

لَا إِلَٰهَ إِلَّا هُوَ يُحْيِي وَيُمِيتُ رَبُّكُمْ وَرَبُّ آبَائِكُمُ الْأَوَّلِينَ (٩)

بَلْ هُمْ فِي شَكٍّ يَلْعَبُونَ (١٠)

فَارْتَقِبْ يَوْمَ تَأْتِي السَّمَاءُ بِدُخَانٍ مُّبِينٍ (١١)

يَغْشَى النَّاسَ هَٰذَا عَذَابٌ أَلِيمٌ (١٢)

رَّبَّنَا اكْشِفْ عَنَّا الْعَذَابَ إِنَّا مُؤْمِنُونَ (١٣)

أَنَّىٰ لَهُمُ الذِّكْرَىٰ وَقَدْ جَاءَهُمْ رَسُولٌ مُّبِينٌ (١٤)

ثُمَّ تَوَلَّوْا عَنْهُ وَقَالُوا مُعَلَّمٌ مَّجْنُونٌ (١٥)

إِنَّا كَاشِفُو الْعَذَابِ قَلِيلًا إِنَّكُمْ عَائِدُونَ (١٦)

يَوْمَ نَبْطِشُ الْبَطْشَةَ الْكُبْرَىٰ إِنَّا مُنتَقِمُونَ (١٧)

---

* v. la verson 11an

** Laŭdegenda, Ĉioscia!

14. Kiel ili do povas lerni, post kiam venis al ili sendito klariganta,

15. kaj ili turnis sin for de li, kaj diris: "Instigito, frenezulo! ".

16. "Ni vere forprenos la turmenton por iom da tempo, sed ili fariĝos ree kulpaj,

17. En la tago, en kiu Ni ekkaptos vin severege, Ni vere repagos al vi".

18. Ni jam elprovis, antaŭ ol ili venis, la popolon de Faraono. Al ili venis honorinda sendito.

19. "Transdonu al mi la servantojn de Allah, mi vere estas por vi sendito fidela.

20. Ne fieriĝu antaŭ Allah. Mi vere venas al vi kun evidenta aŭtoritato,

21. kaj mi serĉas rifuĝon ĉe mia Sinjoro kaj via Sinjoro, por ke vi ne ŝtonmortigu min.

22. Se vi ne kredas al mi, malproksimiĝu de mi".

23. Tiam li* preĝis al sia Sinjoro: "Tiu ĉi estas popolo pekema".

24. "Konduku Miajn servantojn for dum la nokto; certe vi estos persekutataj.

25. Forlasu la maron, kiam ĝi estas kvieta. Ili estas armeo, ili dronos".

26. Kiom multajn ĝardenojn kaj fontojn ili postlasis!

27. Kaj grenkampojn, kaj honorajn loĝejojn!

28. Kaj la favorojn, kiujn ili ĝuis!

29. Tiel estis, kaj Ni heredigis tiujn aĵojn al alia popolo.

* Moseo

وَلَقَدْ فَتَنَّا قَبْلَهُمْ قَوْمَ فِرْعَوْنَ وَجَاءَهُمْ رَسُولٌ
كَرِيمٌ ﴿١٨﴾
أَنْ أَدُّوا إِلَيَّ عِبَادَ اللَّهِ إِنِّي لَكُمْ رَسُولٌ أَمِينٌ ﴿١٩﴾
وَأَنْ لَا تَعْلُوا عَلَى اللَّهِ إِنِّي آتِيكُمْ بِسُلْطَانٍ مُبِينٍ ﴿٢٠﴾
وَإِنِّي عُذْتُ بِرَبِّي وَرَبِّكُمْ أَنْ تَرْجُمُونِ ﴿٢١﴾
وَإِنْ لَمْ تُؤْمِنُوا لِي فَاعْتَزِلُونِ ﴿٢٢﴾
فَدَعَا رَبَّهُ أَنَّ هَٰؤُلَاءِ قَوْمٌ مُجْرِمُونَ ﴿٢٣﴾
فَأَسْرِ بِعِبَادِي لَيْلًا إِنَّكُمْ مُتَّبَعُونَ ﴿٢٤﴾
وَاتْرُكِ الْبَحْرَ رَهْوًا إِنَّهُمْ جُنْدٌ مُغْرَقُونَ ﴿٢٥﴾
كَمْ تَرَكُوا مِنْ جَنَّاتٍ وَعُيُونٍ ﴿٢٦﴾
وَزُرُوعٍ وَمَقَامٍ كَرِيمٍ ﴿٢٧﴾
وَنَعْمَةٍ كَانُوا فِيهَا فَاكِهِينَ ﴿٢٨﴾
كَذَٰلِكَ وَأَوْرَثْنَاهَا قَوْمًا آخَرِينَ ﴿٢٩﴾
فَمَا بَكَتْ عَلَيْهِمُ السَّمَاءُ وَالْأَرْضُ وَمَا كَانُوا
مُنْظَرِينَ ﴿٣٠﴾
وَلَقَدْ نَجَّيْنَا بَنِي إِسْرَائِيلَ مِنَ الْعَذَابِ الْمُهِينِ ﴿٣١﴾
مِنْ فِرْعَوْنَ إِنَّهُ كَانَ عَالِيًا مِنَ الْمُسْرِفِينَ ﴿٣٢﴾
وَلَقَدِ اخْتَرْنَاهُمْ عَلَىٰ عِلْمٍ عَلَى الْعَالَمِينَ ﴿٣٣﴾
وَآتَيْنَاهُمْ مِنَ الْآيَاتِ مَا فِيهِ بَلَاءٌ مُبِينٌ ﴿٣٤﴾
إِنَّ هَٰؤُلَاءِ لَيَقُولُونَ ﴿٣٥﴾
إِنْ هِيَ إِلَّا مَوْتَتُنَا الْأُولَىٰ وَمَا نَحْنُ بِمُنْشَرِينَ ﴿٣٦﴾
فَأْتُوا بِآبَائِنَا إِنْ كُنْتُمْ صَادِقِينَ ﴿٣٧﴾

30. Ne ploris super ili la ĉielo nek la tero, kaj al ili ne estis konsentita prokrasto.

31. Certe Ni savis la idojn de Izrael de hontiga puno:

32. de Faraono – li fakte estis malhumila, ekscesanta –

33. kaj Ni elektis ilin el ĉiuj nacioj, per Nia scio.

34. Kaj Ni donis al ili signon, en kiu estis klara provo.

35. Vere tiuj diros:

36. "Ne ekzistas alia morto ol nia unua, kaj ni ne estos vekitaj,

37. rekonduku do niajn patrojn, se vi estas sinceraj".

38. Ĉu ili estas eble pli honorindaj ol la popolo de Tubba kaj ol tiuj, kiuj estis antaŭ ili? Ni neniigis ilin, ĉar ili estis pekuloj.

39. Ni ne kreis la ĉielojn kaj la teron kaj tion, kio estas inter ili ambaŭ, nur por ludi,

40. Ni vere kreis ilin en vero, sed la plej multaj el ili ne scias tion.

41. Vere la tago de la decido estas la difinita tempo por ili ĉiuj,

42. la tago, en kiu neniom utilos la amiko al la amiko, kaj ili ne trovos helpon,

43. krom tiuj, al kiuj Allah kompatos. Estas Li Tiu, kiu estas la Ĉiopova, la Pardonema.

44. Jen, la arbo Zakkūm

45. estas la manĝaĵo de la pekulo.

46. Kiel fandita ferŝtono ĝi bolos en iliaj ventroj

أهم خير أم قوم تبع والذين من قبلهم أهلكنهم
إنهم كانوا مجرمين ٣٧
وما خلقنا السموت والأرض وما بينهما لعبين ٣٨
ما خلقنهما إلا بالحق ولكن أكثرهم لا يعلمون ٣٩
إن يوم الفصل ميقاتهم أجمعين ٤٠
يوم لا يغني مولى عن مولى شيئا ولا هم ينصرون ٤١
إلا من رحم الله إنه هو العزيز الرحيم ٤٢
إن شجرت الزقوم ٤٣
طعام الأثيم ٤٤
كالمهل يغلي في البطون ٤٥
كغلي الحميم ٤٦
خذوه فاعتلوه إلى سواء الجحيم ٤٧
ثم صبوا فوق رأسه من عذاب الحميم ٤٨
ذق إنك أنت العزيز الكريم ٤٩
إن هذا ما كنتم به تمترون ٥٠
إن المتقين في مقام أمين ٥١
في جنت وعيون ٥٢
يلبسون من سندس وإستبرق متقبلين ٥٣
كذلك وزوجنهم بحور عين ٥٤
يدعون فيها بكل فكهة آمنين ٥٥
لا يذوقون فيها الموت إلا الموتة الأولى و
وقهم عذاب الجحيم ٥٦

47. kiel la bolado de bolanta akvo.

48. "Ekkaptu lin kaj trenu lin en la mezon de l' Infero!

49. Poste verŝu sur lian kapon la turmenton de la bolanta akvo.

50. Vi gustumu! Vi kredis vin la Ĉiopova, la Ŝatenda.

51. Jen! Ĉi tio estas tio, pri kio vi kutimis dubi".

52. Vere la justuloj estas en restadejo sekura,

53. inter ĝardenoj kaj fontoj,

54. vestitaj per silko kaj orbrokato, sidante vidalvide.

55. Tiel tio estos. Ni edzigos ilin kun noblaj fraŭlinoj* grandokulaj.

56. Tie ili ricevos ĉiuspecajn fruktojn en paco kaj sekureco.

57. Tie ili ne gustumos la morton, krom la unua morto, kaj Li savos ilin de la turmento de l' Infero

58. per la graco de via Sinjoro. Tio estas la plej granda feliĉo.

59. Ni certe faris ĝin facila, en via lingvo, por ke ili estu admonataj.

60. Atendu do; ili ankaŭ atendas.

فَضْلًا مِّن رَّبِّكَ ذَٰلِكَ هُوَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿٥٧﴾
فَإِنَّمَا يَسَّرْنَاهُ بِلِسَانِكَ لَعَلَّهُمْ يَتَذَكَّرُونَ ﴿٥٨﴾
فَارْتَقِبْ إِنَّهُم مُّرْتَقِبُونَ ﴿٥٩﴾

* Arabe: Hûr




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Hā Mīm.**

3. La revelacio de la Libro venas de Allah, la Ĉiopova, la Saĝa.

4. Vere en la ĉieloj kaj sur la tero estas signoj por la kredantoj,

5. kaj en via kreo kaj en ĉiuj bestoj, kiun Li dissendis, estas signo por popolo firme kredanta.

6. Ankaŭ en la alternado de la nokto kaj de la tago kaj en tiu provizaĵo, kiun Allah sendas el la ĉielo, per kiu Li revivigas la teron post ĝia morto, kaj en la alternado de la ventoj, estas signoj por popolo komprenanta.

7. Tiuj ĉi estas la signoj de Allah, kiujn Ni proklamas al vi kun la vero. Al kiu vorto ili kredos post Allah kaj Liaj signoj?

8. Ve al ĉiu mensogulo kaj pekulo!

9. Al tiu, kiu aŭdas la revelaciojn de Allah, kiam ili estas proklamataj al li, poste tamen persistas je la fieregeco, kvazaŭ li neniam estus aŭdinta, vi anoncu doloran punon!

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ (١)
حمٓ (٢)
تَنزِيلُ الْكِتَابِ مِنَ اللَّهِ الْعَزِيزِ الْحَكِيمِ (٣)
إِنَّ فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ لَآيَاتٍ لِّلْمُؤْمِنِينَ (٤)
وَفِي خَلْقِكُمْ وَمَا يَبُثُّ مِن دَابَّةٍ آيَاتٌ لِّقَوْمٍ
يُوقِنُونَ (٥)
وَاخْتِلَافِ اللَّيْلِ وَالنَّهَارِ وَمَا أَنزَلَ اللَّهُ مِنَ السَّمَاءِ
مِن رِّزْقٍ فَأَحْيَا بِهِ الْأَرْضَ بَعْدَ مَوْتِهَا وَتَصْرِيفِ
الرِّيَاحِ آيَاتٌ لِّقَوْمٍ يَعْقِلُونَ (٦)
تِلْكَ آيَاتُ اللَّهِ نَتْلُوهَا عَلَيْكَ بِالْحَقِّ فَبِأَيِّ حَدِيثٍ
بَعْدَ اللَّهِ وَآيَاتِهِ يُؤْمِنُونَ (٧)
وَيْلٌ لِّكُلِّ أَفَّاكٍ أَثِيمٍ (٨)
يَسْمَعُ آيَاتِ اللَّهِ تُتْلَىٰ عَلَيْهِ ثُمَّ يُصِرُّ مُسْتَكْبِرًا كَأَن
لَّمْ يَسْمَعْهَا فَبَشِّرْهُ بِعَذَابٍ أَلِيمٍ (٩)
وَإِذَا عَلِمَ مِنْ آيَاتِنَا شَيْئًا اتَّخَذَهَا هُزُوًا أُولَٰئِكَ

* v. la verson 29an

** Laŭdegenda, Ĉioscia!

10. Kaj por tiu, kiu – kiam li ekscias ion el Niaj revelacioj – ridas pri ili, estos hontiga puno.

11. Antaŭ ili estas la Infero kaj al ili neniom utilos tio, kion ili meritis, nek la protektantoj, kiujn ili prenis al si anstataŭ Allah, kaj por ili estos terura turmento.

12. Tiu ĉi estas gvidilo, kaj por tiuj, kiuj rifuzas la revelaciojn de sia Sinjoro, estos la plej dolora puno.

13. Estas Allah Tiu, kiu igis servi al vi la maron, por ke la ŝipoj veturu sur ĝi laŭ Lia ordono, kaj por ke vi strebu al Lia graco kaj por ke vi estu dankaj.

14. Li igis servi al vi tion, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero; ĉio venas de Li. Vere en tio estas signoj por popolo pripensanta.

15. Diru al la kredantoj ke ili pardonu al tiuj, kiuj ne timas la punon de Allah, por ke Li rekompencu la popolon pro tio, kion ili meritis.

16. Kiu bonfaras, tiu faras tion por sia propra animo, kaj, kiu malbonfaras, sur tiun falos la malbono. Poste vi revenos al via Sinjoro.

17. Ni vere donis al la idoj de Izrael la Skribon kaj la saĝon kaj la profetadon, kaj Ni donis al ili bonajn aĵojn, kaj Ni preferis ilin al la aliaj nacioj.

18. Ni donis al ili klarajn pruvojn pri la afero. Ili malkonsentis nur, post kiam venis al ili la vera scio, pro reciproka envio. Vere via Sinjoro juĝos inter ili en la tago de la reviviĝo pri tio, pri kio ili malkonsentis.

19. Poste Ni kondukis vin sur la vojon klaran en la afero de la kredo, vi do sekvu ĝin kaj ne sekvu la pasiojn de tiuj, kiuj nenion scias.

لَهُمْ عَذَابٌ مُّهِيْنٌ ﴿١٠﴾
مِنْ وَّرَآئِهِمْ جَهَنَّمُ ۚ وَلَا يُغْنِيْ عَنْهُمْ مَّا كَسَبُوْا
شَيْـًٔا وَّلَا مَا اتَّخَذُوْا مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ اَوْلِيَآءَ ۚ وَلَهُمْ
عَذَابٌ عَظِيْمٌ ﴿١١﴾
هٰذَا هُدًى ۚ وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا بِاٰيٰتِ رَبِّهِمْ لَهُمْ عَذَابٌ
مِّنْ رِّجْزٍ اَلِيْمٌ ﴿١٢﴾ ع
اَللّٰهُ الَّذِيْ سَخَّرَ لَكُمُ الْبَحْرَ لِتَجْرِيَ الْفُلْكُ فِيْهِ بِاَمْرِهٖ
وَلِتَبْتَغُوْا مِنْ فَضْلِهٖ وَلَعَلَّكُمْ تَشْكُرُوْنَ ﴿١٣﴾
وَسَخَّرَ لَكُمْ مَّا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ جَمِيْعًا
مِّنْهُ ۭ اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَاٰيٰتٍ لِّقَوْمٍ يَّتَفَكَّرُوْنَ ﴿١٤﴾
قُلْ لِّلَّذِيْنَ اٰمَنُوْا يَغْفِرُوْا لِلَّذِيْنَ لَا يَرْجُوْنَ اَيَّامَ اللّٰهِ
لِيَجْزِيَ قَوْمًا بِمَا كَانُوْا يَكْسِبُوْنَ ﴿١٥﴾
مَنْ عَمِلَ صَالِحًا فَلِنَفْسِهٖ ۚ وَمَنْ اَسَآءَ فَعَلَيْهَا ۫ ثُمَّ
اِلٰى رَبِّكُمْ تُرْجَعُوْنَ ﴿١٦﴾
وَلَقَدْ اٰتَيْنَا بَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ الْكِتٰبَ وَالْحُكْمَ وَالنُّبُوَّةَ
وَرَزَقْنٰهُمْ مِّنَ الطَّيِّبٰتِ وَفَضَّلْنٰهُمْ عَلَى الْعٰلَمِيْنَ ﴿١٧﴾
وَاٰتَيْنٰهُمْ بَيِّنٰتٍ مِّنَ الْاَمْرِ ۚ فَمَا اخْتَلَفُوْٓا اِلَّا مِنْۢ
بَعْدِ مَا جَآءَهُمُ الْعِلْمُ ۙ بَغْيًا بَيْنَهُمْ ۭ اِنَّ رَبَّكَ
يَقْضِيْ بَيْنَهُمْ يَوْمَ الْقِيٰمَةِ فِيْمَا كَانُوْا فِيْهِ
يَخْتَلِفُوْنَ ﴿١٨﴾
ثُمَّ جَعَلْنٰكَ عَلٰى شَرِيْعَةٍ مِّنَ الْاَمْرِ فَاتَّبِعْهَا وَ
لَا تَتَّبِعْ اَهْوَآءَ الَّذِيْنَ لَا يَعْلَمُوْنَ ﴿١٩﴾

20. Vere ili neniom utilos al vi kontraŭ Allah. Pri la malpieguloj sciu: iuj el ili estas amikoj de la aliaj, sed Allah estas la amiko de la justuloj.

إِنَّهُمْ لَن يُغْنُوا عَنكَ مِنَ اللَّهِ شَيْئًا وَإِنَّ الظَّالِمِينَ
بَعْضُهُمْ أَوْلِيَاءُ بَعْضٍ وَاللَّهُ وَلِيُّ الْمُتَّقِينَ ﴿٢٠﴾

21. Tiuj ĉi estas la instruiloj por la homaro kaj gvidilo kaj kompato por popolo firme kredanta.

هَٰذَا بَصَائِرُ لِلنَّاسِ وَهُدًى وَرَحْمَةٌ لِّقَوْمٍ
يُوقِنُونَ ﴿٢١﴾

22. Ĉu la malbonfarantoj do imagas, ke Ni traktos ilin kiel la kredantojn kaj la bonfarantojn, tiel ke ilia vivo kaj ilia morto estos egalaj? Malbone estas, kiel ili juĝas!

أَمْ حَسِبَ الَّذِينَ اجْتَرَحُوا السَّيِّئَاتِ أَن نَّجْعَلَهُمْ
كَالَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ سَوَاءً مَّحْيَاهُمْ
وَمَمَاتُهُمْ ۚ سَاءَ مَا يَحْكُمُونَ ﴿٢٢﴾

23. Allah kreis la ĉielojn kaj la teron en vero, tial estos rekompencita ĉiu homo pro tio, kion li meritis; ili ne ricevos maljustecon.

وَخَلَقَ اللَّهُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ بِالْحَقِّ وَلِتُجْزَىٰ
كُلُّ نَفْسٍ بِمَا كَسَبَتْ وَهُمْ لَا يُظْلَمُونَ ﴿٢٣﴾

24. Ĉu vi do vidis tiun, kiu prenas al si kiel Dion siajn pasiojn, kaj kiun Allah lasas erari en Sia scio, kaj al kiu Li sigelas la orelojn kaj la koron, kaj sur kies okulojn Li etendas dikan vualon? Kiu do kapablos gvidi lin post Allah? Ĉu vi do ne volas akcepti la admonon?

أَفَرَأَيْتَ مَنِ اتَّخَذَ إِلَٰهَهُ هَوَاهُ وَأَضَلَّهُ اللَّهُ
عَلَىٰ عِلْمٍ وَخَتَمَ عَلَىٰ سَمْعِهِ وَقَلْبِهِ وَجَعَلَ عَلَىٰ
بَصَرِهِ غِشَاوَةً فَمَن يَهْدِيهِ مِن بَعْدِ اللَّهِ ۚ
أَفَلَا تَذَكَّرُونَ ﴿٢٤﴾

25. Ili diras: "Ne ekzistas io ajn alia ol ĉi tiu nia vivo; ni mortas kaj ni vivas, kaj nenio alia neniigas nin ol la tempo". Pri tio tamen ili ne havas iun veran scion, ili nur supozas.

وَقَالُوا مَا هِيَ إِلَّا حَيَاتُنَا الدُّنْيَا نَمُوتُ وَنَحْيَا
وَمَا يُهْلِكُنَا إِلَّا الدَّهْرُ ۚ وَمَا لَهُم بِذَٰلِكَ مِنْ
عِلْمٍ ۖ إِنْ هُمْ إِلَّا يَظُنُّونَ ﴿٢٥﴾

26. Kiam estas proklamataj al ili Niaj evidentaj revelacioj, ili povas alporti nur la jenan kontraŭparolon: "Rekonduku niajn patrojn, se vi estas sinceraj! ".

وَإِذَا تُتْلَىٰ عَلَيْهِمْ آيَاتُنَا بَيِّنَاتٍ مَّا كَانَ حُجَّتَهُمْ
إِلَّا أَن قَالُوا ائْتُوا بِآبَائِنَا إِن كُنتُمْ صَادِقِينَ ﴿٢٦﴾

27. Diru: "Allah igas vin vivi, poste morti, poste Li kunvenigos vin en la tago de la reviviĝo, pri kiu ne ekzistas dubo, sed la plej multaj el la homoj ne scias tion".

قُلِ اللَّهُ يُحْيِيكُمْ ثُمَّ يُمِيتُكُمْ ثُمَّ يَجْمَعُكُمْ إِلَىٰ
يَوْمِ الْقِيَامَةِ لَا رَيْبَ فِيهِ وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَ النَّاسِ
لَا يَعْلَمُونَ ﴿٢٧﴾

28. Al Allah apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj en la tago, en kiu estiĝos la Horo, en tiu tago la mensoguloj pereos,

وَلِلَّهِ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۚ وَيَوْمَ تَقُومُ السَّاعَةُ

29. kaj vi vidos ĉiun popolon surgenuiĝi. Ĉiu popolo estos vokita al sia Skribo: "Hodiaŭ vi ricevos la rekompencon pro tio, kion vi faris.

30. Ĉi tiu estas Nia Libro, ĝi diras al vi la veron. Ni vere enskribigis ĉion, kion vi faris".

31. Pri tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, sciu: ilia Sinjoro kondukos ilin en Sian kompaton. Tio estas la plej granda feliĉo.

32. Pri la miskredantoj, sciu: ĉu Miaj revelacioj ne estis proklamitaj al vi? Vi tamen fariĝis fieregaj kaj vi estis popolo pekema,

33. kaj, kiam estis dirite: "La promeso de Allah estas vera, kaj pri la Horo ne ekzistas dubo", vi diris: "Ni ne scias, kio estas la Horo, ni havas pri ĝi nur malprecizan opinion kaj ni ne estas konvinkitaj".

34. La malbonaj konsekvencoj de ilia agado fariĝos evidentaj al ili kaj tio, kion ili kutimis moki, ĉirkaŭos ilin.

35. Estos dirite al ili: "Hodiaŭ Ni forgesis vin, kiel vi forgesis la venon de ĉi tiu tago. Via restadejo estas la fajro, kaj por vi ne estos iu ajn helpanto.

36. Tio estas, ĉar vi mokis pri la revelacioj de Allah, kaj vin trompis ĉi tiu vivo". Tial ili ne povos eliri de tie, kaj ili ne povos esti elaĉetitaj.

37. Estu laŭdegata Allah, la Sinjoro de la ĉieloj kaj la Sinjoro de la tero, la Sinjoro de l' Universo!

38. Al Li apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero kaj Li estas la Ĉiopova, la Saĝa!

*

Fino de la 25-a parto

يَوْمَئِذٍ يَخْسَرُ الْمُبْطِلُونَ ٢٧
وَتَرَىٰ كُلَّ أُمَّةٍ جَاثِيَةً ۚ كُلُّ أُمَّةٍ تُدْعَىٰ إِلَىٰ
كِتَابِهَا الْيَوْمَ تُجْزَوْنَ مَا كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ٢٨
هَٰذَا كِتَابُنَا يَنطِقُ عَلَيْكُم بِالْحَقِّ ۚ إِنَّا كُنَّا نَسْتَنسِخُ
مَا كُنتُمْ تَعْمَلُونَ ٢٩
فَأَمَّا الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصَّالِحَاتِ فَيُدْخِلُهُمْ
رَبُّهُمْ فِي رَحْمَتِهِ ۚ ذَٰلِكَ هُوَ الْفَوْزُ الْمُبِينُ ٣٠
وَأَمَّا الَّذِينَ كَفَرُوا أَفَلَمْ تَكُنْ آيَاتِي تُتْلَىٰ عَلَيْكُمْ
فَاسْتَكْبَرْتُمْ وَكُنتُمْ قَوْمًا مُّجْرِمِينَ ٣١
وَإِذَا قِيلَ إِنَّ وَعْدَ اللَّهِ حَقٌّ وَالسَّاعَةُ لَا رَيْبَ
فِيهَا قُلْتُم مَّا نَدْرِي مَا السَّاعَةُ إِن نَّظُنُّ إِلَّا ظَنًّا
وَمَا نَحْنُ بِمُسْتَيْقِنِينَ ٣٢
وَبَدَا لَهُمْ سَيِّئَاتُ مَا عَمِلُوا وَحَاقَ بِهِم مَّا كَانُوا
بِهِ يَسْتَهْزِئُونَ ٣٣
وَقِيلَ الْيَوْمَ نَنسَاكُمْ كَمَا نَسِيتُمْ لِقَاءَ يَوْمِكُمْ هَٰذَا
وَمَأْوَاكُمُ النَّارُ وَمَا لَكُم مِّن نَّاصِرِينَ ٣٤
ذَٰلِكُم بِأَنَّكُمُ اتَّخَذْتُمْ آيَاتِ اللَّهِ هُزُوًا وَغَرَّتْكُمُ
الْحَيَاةُ الدُّنْيَا ۚ فَالْيَوْمَ لَا يُخْرَجُونَ مِنْهَا وَلَا هُمْ
يُسْتَعْتَبُونَ ٣٥
فَلِلَّهِ الْحَمْدُ رَبِّ السَّمَاوَاتِ وَرَبِّ الْأَرْضِ رَبِّ
الْعَالَمِينَ ٣٦
وَلَهُ الْكِبْرِيَاءُ فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۖ وَهُوَ الْعَزِيزُ
الْحَكِيمُ ٣٧




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Hâ Mîm.**

3. La revelacio de la Libro venas de Allah, la Ĉiopova, la Saĝa.

4. Ni kreis la ĉielojn kaj la teron kaj tion, kio estas inter ili ambaŭ, nur per la vero kaj por difinita tempo. Tiuj tamen, kiuj ne kredas je tio, pri kio ili estas admonitaj, turnas sin for.

5. Diru: "Ĉu vi scias, kio estas tiuj, kiujn vi alvokas anstataŭ Allahon? Montru al mi, kion ili kreis el la tero. Aŭ ĉu ili partoprenas en la ĉieloj? Alportu al mi Libron, kiu estis revelaciita antaŭ ĉi tiu, aŭ iomete da vera scio, se vi estas sinceraj".

6. Kiu estas pli eraranta ol tiu, kiu alvokas anstataŭ Allah tiujn, kiuj ne aŭdos lin ĝis la tago de la reviviĝo kaj ignoras lian preĝon?

7. Kiam la homoj estos kunigitaj, tiuj estos iliaj malamikoj kaj rifuzos ilian adoradon.

8. Kiam Niaj klaraj revelacioj estas proklamataj al ili, la miskredantoj diras pri la vero, kiam ĝi venas al ili: "Ĉi tio estas evidenta magio".

9. Ĉu ili diras: "Li elpensis ĝin"? Diru tiam: "Se mi estus elpensinta ĝin, vi neniom utilus al mi kontraŭ Allah. Li bone scias, kion vi kutimas diri; Li sufiĉas kiel atestanto inter mi kaj vi; Li estas la Senkulpigema, la Pardonema".

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
حٰمٓ (٢)
تَنْزِيْلُ الْكِتٰبِ مِنَ اللّٰهِ الْعَزِيْزِ الْحَكِيْمِ (٣)
مَا خَلَقْنَا السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَآ اِلَّا
بِالْحَقِّ وَاَجَلٍ مُّسَمًّى ۭ وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا عَمَّآ اُنْذِرُوْا
مُعْرِضُوْنَ (٤)
قُلْ اَرَءَيْتُمْ مَّا تَدْعُوْنَ مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ اَرُوْنِيْ
مَاذَا خَلَقُوْا مِنَ الْاَرْضِ اَمْ لَهُمْ شِرْكٌ فِي السَّمٰوٰتِ ۭ
اِيْتُوْنِيْ بِكِتٰبٍ مِّنْ قَبْلِ هٰذَآ اَوْ اَثٰرَةٍ مِّنْ عِلْمٍ
اِنْ كُنْتُمْ صٰدِقِيْنَ (٥)
وَمَنْ اَضَلُّ مِمَّنْ يَّدْعُوْا مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ مَنْ
لَّا يَسْتَجِيْبُ لَهٗٓ اِلٰى يَوْمِ الْقِيٰمَةِ وَهُمْ عَنْ دُعَاۗىِٕهِمْ
غٰفِلُوْنَ (٦)
وَاِذَا حُشِرَ النَّاسُ كَانُوْا لَهُمْ اَعْدَاۗءً وَّكَانُوْا
بِعِبَادَتِهِمْ كٰفِرِيْنَ (٧)
وَاِذَا تُتْلٰى عَلَيْهِمْ اٰيٰتُنَا بَيِّنٰتٍ قَالَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا
لِلْحَقِّ لَمَّا جَاۗءَهُمْ ۙ هٰذَا سِحْرٌ مُّبِيْنٌ (٨)

---

* v. la verson 22an

** Laŭdegenda, Ĉioscia!

10. Diru: "Mi ne estas novaĵo inter la senditoj, kaj mi ne scias, kio okazos pri mi aŭ pri vi. Mi sekvas nur tion, kio estis revelaciita al mi, kaj mi estas nur klariga admonanto".

11. Diru: "Kion vi opinias? Se tio venas de Allah kaj vi rifuzas ĝin, kaj iu atestanto* el la idoj de Izrael atestis pri io simila kaj kredis, vi male fieregiĝis, ĉu vi ne estas malpieguloj? ". Vere Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

12. Diris la nekredantoj pri la kredantoj: "Se la Korano estus io bona, tiuj ne estus akceptintaj ĝin antaŭ ol ni", kaj, ĉar ili ne volas esti gvidataj de ĝi, ili diras: "Ĉi tio nur estas malnova mensogo".

13. Antaŭ ĝi jam estis la Libro de Moseo, gvidilo kaj favoro, kaj ĉi tiu estas Libro certiganta, en lingvo araba, por admoni la malpiegulojn, kaj bona novaĵo por la bonfarantoj,

14. por tiuj, kiuj diras: "Nia Sinjoro estas Allah" kaj poste persistas. Por ili ne plu estos timo nek malgajeco.

15. Ili estos loĝantoj de l' Paradizo; tie ili restos ĉiam: rekompenco pro tio, kion ili faris.

16. Ni ordonis kiel devon de la homoj la bonajn agojn kontraŭ siaj gepatroj. Lia patrino portis lin en doloro kaj en doloro naskis lin. Lin porti kaj lin demamigi daŭras tridek monatojn. Poste, kiam li atingis sian plenaĝon kaj li estas kvardekjara, li diras: "Mia Sinjoro, faru min danka pro Viaj favoroj, kiujn Vi donis al mi kaj al miaj gepatroj, kaj igu min bonfari por plaĉi al vi kaj faru miajn idojn justaj por mi.

* Moseo

أَمْ يَقُولُونَ افْتَرَاهُ ۖ قُلْ إِنِ افْتَرَيْتُهُ فَلَا تَمْلِكُونَ
لِي مِنَ اللَّهِ شَيْئًا ۖ هُوَ أَعْلَمُ بِمَا تُفِيضُونَ فِيهِ ۚ
كَفَىٰ بِهِ شَهِيدًا بَيْنِي وَبَيْنَكُمْ ۖ وَهُوَ الْغَفُورُ
الرَّحِيمُ ﴿٩﴾
قُلْ مَا كُنتُ بِدْعًا مِّنَ الرُّسُلِ وَمَا أَدْرِي مَا يُفْعَلُ
بِي وَلَا بِكُمْ ۖ إِنْ أَتَّبِعُ إِلَّا مَا يُوحَىٰ إِلَيَّ وَمَا أَنَا
إِلَّا نَذِيرٌ مُّبِينٌ ﴿١٠﴾
قُلْ أَرَأَيْتُمْ إِن كَانَ مِنْ عِندِ اللَّهِ وَكَفَرْتُم بِهِ
وَشَهِدَ شَاهِدٌ مِّن بَنِي إِسْرَائِيلَ عَلَىٰ مِثْلِهِ
ع فَآمَنَ وَاسْتَكْبَرْتُمْ ۖ إِنَّ اللَّهَ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الظَّالِمِينَ ﴿١١﴾
وَقَالَ الَّذِينَ كَفَرُوا لِلَّذِينَ آمَنُوا لَوْ كَانَ خَيْرًا مَّا
سَبَقُونَا إِلَيْهِ ۚ وَإِذْ لَمْ يَهْتَدُوا بِهِ فَسَيَقُولُونَ
هَٰذَا إِفْكٌ قَدِيمٌ ﴿١٢﴾
وَمِن قَبْلِهِ كِتَابُ مُوسَىٰ إِمَامًا وَرَحْمَةً ۚ وَهَٰذَا
كِتَابٌ مُّصَدِّقٌ لِّسَانًا عَرَبِيًّا لِّيُنذِرَ الَّذِينَ ظَلَمُوا
وَبُشْرَىٰ لِلْمُحْسِنِينَ ﴿١٣﴾
إِنَّ الَّذِينَ قَالُوا رَبُّنَا اللَّهُ ثُمَّ اسْتَقَامُوا فَلَا خَوْفٌ
عَلَيْهِمْ وَلَا هُمْ يَحْزَنُونَ ﴿١٤﴾
أُولَٰئِكَ أَصْحَابُ الْجَنَّةِ خَالِدِينَ فِيهَا جَزَاءً بِمَا كَانُوا
يَعْمَلُونَ ﴿١٥﴾
وَوَصَّيْنَا الْإِنسَانَ بِوَالِدَيْهِ إِحْسَانًا ۖ حَمَلَتْهُ
أُمُّهُ كُرْهًا وَوَضَعَتْهُ كُرْهًا ۖ وَحَمْلُهُ وَفِصَالُهُ

Vere mi turnas min al Vi kaj mi vere estas submetiĝanto".

17. Estas ili tiuj, de kiuj Ni akceptas la bonajn agojn, kiujn ili faris, kaj de kiuj Ni pretervidas la malbonajn: ili estos inter la loĝantoj de la Paradizo. Tiu ĉi estas la sincera promeso, kiu estis farita al ili.

18. Tiu tamen, kiu diras al siaj gepatroj: "Fi al vi! Ĉu vi promesas al mi, ke mi reviviĝos, kvankam antaŭ mi jam forpasis generacioj? ", kaj tiam ili ambaŭ plorpetas helpon de Allah kaj diras: "Ve al vi, kredu! Vere la promeso de Allah estas vera! ", li tamen respondas: "Ĉio ĉi estas nenio alia ol la fabeloj de la antikvuloj".

19. Estas ili tiuj, kontraŭ kiuj veriĝos la juĝo de la puno eldirita kontraŭ popoloj, kiuj estis antaŭ ili, konsistantaj el Ginnoj kaj el homoj. Vere, ili estis la perdantoj.

20. Por ĉiuj estos rangoj laŭ tio, kion ili faris, por ke Li rekompencu tute iliajn agojn, kaj por ili ne estos maljusteco.

21. En la tago, en kiu la miskredantoj estos elmetitaj al la fajro: "Vi elĉerpis la bonajn aĵojn en via vivo kaj vi ĝuis ilin. Hodiaŭ tamen vi estos rekompencitaj per la puno de la honto, ĉar vi fieregiĝis sur la tero, maljuste, kaj ĉar vi estigis malpacon".

22. Memoru la fraton de Aad, kiam li admonis sian popolon apud la dunoj* – estis admonantoj jam antaŭ li kaj post li – kaj diris: "Adoru nur Allahon. Mi timas por vi la punon de la tago terura".

23. Ili demandis: "Ĉu vi venis al ni por malproksimigi nin de niaj Dioj? Alportu do al ni tion, pri kio vi nin minacas, se vi estas unu el la sinceruloj".

---

* Arabe: Al-Ahkāf, regiono en Hadramaut

ثَلٰثُوْنَ شَهْرًا ۭ حَتّٰٓى اِذَا بَلَغَ اَشُدَّهٗ وَبَلَغَ اَرْبَعِيْنَ
سَنَةً ۙ قَالَ رَبِّ اَوْزِعْنِيْٓ اَنْ اَشْكُرَ نِعْمَتَكَ الَّتِيْٓ
اَنْعَمْتَ عَلَيَّ وَعَلٰى وَالِدَيَّ وَاَنْ اَعْمَلَ صَالِحًا
تَرْضٰىهُ وَاَصْلِحْ لِيْ فِيْ ذُرِّيَّتِيْ ۚ اِنِّيْ تُبْتُ اِلَيْكَ
وَاِنِّيْ مِنَ الْمُسْلِمِيْنَ ﴿١٦﴾
اُولٰۗىِٕكَ الَّذِيْنَ نَتَقَبَّلُ عَنْهُمْ اَحْسَنَ مَا عَمِلُوْا وَ
نَتَجَاوَزُ عَنْ سَيِّاٰتِهِمْ فِيْٓ اَصْحٰبِ الْجَنَّةِ ۭ وَعْدَ
الصِّدْقِ الَّذِيْ كَانُوْا يُوْعَدُوْنَ ﴿١٧﴾
وَالَّذِيْ قَالَ لِوَالِدَيْهِ اُفٍّ لَّكُمَآ اَتَعِدٰنِنِيْٓ اَنْ
اُخْرَجَ وَقَدْ خَلَتِ الْقُرُوْنُ مِنْ قَبْلِيْ ۚ وَهُمَا
يَسْتَغِيْثٰنِ اللّٰهَ وَيْلَكَ اٰمِنْ ۤ اِنَّ وَعْدَ اللّٰهِ حَقٌّ ښ
فَيَقُوْلُ مَا هٰذَآ اِلَّآ اَسَاطِيْرُ الْاَوَّلِيْنَ ﴿١٨﴾
اُولٰۗىِٕكَ الَّذِيْنَ حَقَّ عَلَيْهِمُ الْقَوْلُ فِيْٓ اُمَمٍ قَدْ
خَلَتْ مِنْ قَبْلِهِمْ مِّنَ الْجِنِّ وَالْاِنْسِ ۭ اِنَّهُمْ
كَانُوْا خٰسِرِيْنَ ﴿١٩﴾
وَلِكُلٍّ دَرَجٰتٌ مِّمَّا عَمِلُوْا ۚ وَلِيُوَفِّيَهُمْ اَعْمَالَهُمْ
وَهُمْ لَا يُظْلَمُوْنَ ﴿٢٠﴾
وَيَوْمَ يُعْرَضُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا عَلَى النَّارِ ۭ اَذْهَبْتُمْ
طَيِّبٰتِكُمْ فِيْ حَيَاتِكُمُ الدُّنْيَا وَاسْتَمْتَعْتُمْ بِهَا ۚ
فَالْيَوْمَ تُجْزَوْنَ عَذَابَ الْهُوْنِ بِمَا كُنْتُمْ تَسْتَكْبِرُوْنَ
فِي الْاَرْضِ بِغَيْرِ الْحَقِّ وَبِمَا كُنْتُمْ تَفْسُقُوْنَ ﴿٢١﴾ ع
وَاذْكُرْ اَخَا عَادٍ ۭ اِذْ اَنْذَرَ قَوْمَهٗ بِالْاَحْقَافِ وَ

24. Li respondis: ”Vere la scio pri tio estas nur ĉe Allah kaj mi nur anoncas al vi tion, kun kio mi estis sendita, sed mi vidas, ke vi estas popolo nescianta”.

25. Kiam ili vidis la punon alproksimiĝi kiel nubego al iliaj valoj, ili diris: ”Tiu ĉi estas nubo, kiu alportas al ni pluvon.” Ne! Tio estas, kion vi volis akceli, ventego, en kiu estas dolora puno,

26. ĝi detruos ĉion laŭ la ordono de sia Sinjoro. La sekvantan matenon oni ne plu vidis, pri ili, ion alian ol la loĝejojn. Tiel Ni rekompencas la popolon pekeman.

27. Ni donis al ili la povon super tio, super kio Ni ne donis al vi la povon, kaj Ni donis al ili aŭdadon kaj vidadon kaj korojn, sed al ili neniom utilis ilia aŭdado kaj ilia vidado kaj iliaj koroj, ĉar ili negis la revelaciojn de Allah. Sur ilin falis tio, kion ili kutimis moki.

28. Vere Ni jam detruis urbojn ĉirkaŭ vi, kaj Ni montris la signojn de ĉiuj flankoj, por ke ili konvertiĝu.

29. Kial do ne helpis ilin tiuj, kiujn ili prenis al si, anstataŭ Allahon, kiel Diojn, por ke ili alproksimigu ilin al Li? Ne, tiuj foriris de ili. Jen ilia mensogo kaj tio, kion ili kutimis elpensi!

30. Memoru, kiam Ni direktis al vi grupon de Ginnoj, kiuj deziris aŭdi la Koranon; kiam ili estis en ĝia ĉeesto, ili diris: ”Silentu”. Kiam ĝi finiĝis, ili reiris al sia popolo, admonante.

31. Ili diris: ”Ho nia popolo! Ni aŭdis Libron, kiu estis sendita post Moseo kiel certigo de tio, kio estis antaŭ ĝi; ĝi gvidas al la vero kaj al la rekta vojo.

32. Ho nia popolo, sekvu la heroldon de Allah kaj kredu je Li. Li pardonos al vi viajn

قَدْ خَلَتِ النُّذُرُ مِنْ بَيْنِ يَدَيْهِ وَمِنْ خَلْفِهِ
أَلَّا تَعْبُدُوا إِلَّا اللَّهَ إِنِّي أَخَافُ عَلَيْكُمْ عَذَابَ
يَوْمٍ عَظِيمٍ ﴿٢١﴾
قَالُوا أَجِئْتَنَا لِتَأْفِكَنَا عَنْ آلِهَتِنَا فَأْتِنَا بِمَا
تَعِدُنَا إِنْ كُنْتَ مِنَ الصَّادِقِينَ ﴿٢٢﴾
قَالَ إِنَّمَا الْعِلْمُ عِنْدَ اللَّهِ وَأُبَلِّغُكُمْ مَا أُرْسِلْتُ
بِهِ وَلَٰكِنِّي أَرَاكُمْ قَوْمًا تَجْهَلُونَ ﴿٢٣﴾
فَلَمَّا رَأَوْهُ عَارِضًا مُسْتَقْبِلَ أَوْدِيَتِهِمْ قَالُوا هَٰذَا
عَارِضٌ مُمْطِرُنَا بَلْ هُوَ مَا اسْتَعْجَلْتُمْ بِهِ رِيحٌ
فِيهَا عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿٢٤﴾
تُدَمِّرُ كُلَّ شَيْءٍ بِأَمْرِ رَبِّهَا فَأَصْبَحُوا لَا يُرَىٰ
إِلَّا مَسَاكِنُهُمْ كَذَٰلِكَ نَجْزِي الْقَوْمَ الْمُجْرِمِينَ ﴿٢٥﴾
وَلَقَدْ مَكَّنَّاهُمْ فِيمَا إِنْ مَكَّنَّاكُمْ فِيهِ وَجَعَلْنَا
لَهُمْ سَمْعًا وَأَبْصَارًا وَأَفْئِدَةً فَمَا أَغْنَىٰ عَنْهُمْ
سَمْعُهُمْ وَلَا أَبْصَارُهُمْ وَلَا أَفْئِدَتُهُمْ مِنْ شَيْءٍ
إِذْ كَانُوا يَجْحَدُونَ بِآيَاتِ اللَّهِ وَحَاقَ بِهِمْ مَا كَانُوا
بِهِ يَسْتَهْزِئُونَ ﴿٢٦﴾ ع
وَلَقَدْ أَهْلَكْنَا مَا حَوْلَكُمْ مِنَ الْقُرَىٰ وَصَرَّفْنَا
الْآيَاتِ لَعَلَّهُمْ يَرْجِعُونَ ﴿٢٧﴾
فَلَوْلَا نَصَرَهُمُ الَّذِينَ اتَّخَذُوا مِنْ دُونِ اللَّهِ قُرْبَانًا
آلِهَةً بَلْ ضَلُّوا عَنْهُمْ وَذَٰلِكَ إِفْكُهُمْ وَمَا كَانُوا
يَفْتَرُونَ ﴿٢٨﴾

pekojn kaj Li protektos vin de la dolora puno.

33. Kiu ne sekvas la heroldon de Allah, tiu ne povas fuĝi sur la tero, kaj por li ne estos protektanto krom Li. Ili troviĝas en evidenta eraro".

34. Ĉu ili ne vidis, ke Allah, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron kaj ne laciĝis pro ilia kreo, havas la povon revivigi la mortintojn? Jes! Li vere havas povon super ĉiuj aferoj.

35. En la tago, en kiu la miskredantoj estos elmetitaj al la fajro: "Ĉu ĉi tio ne estas la vero? ". Ili diros: "Jes! Per nia Sinjoro! ". Li diros: "Gustumu do la punon, ĉar vi estis miskredantaj".

36. Persistu do, kiel persistis la senditoj, dotitaj je firmeco, kaj ne rapidu pro ili. En la tago, en kiu ili vidos tion, pri kio estis minacite al ili, ŝajnos al ili, ke ili atendis nur unu horon de unu tago. Tio estas senditaĵo! Neniu alia estos neniigita ol la popolo malpia.

وَإِذْ صَرَفْنَآ إِلَيْكَ نَفَرًا مِّنَ الْجِنِّ يَسْتَمِعُونَ الْقُرْاٰنَ
فَلَمَّا حَضَرُوهُ قَالُوٓا أَنصِتُوا فَلَمَّا قُضِيَ وَلَّوْا إِلَىٰ
قَوْمِهِم مُّنذِرِينَ ﴿٣٠﴾
قَالُوا يَا قَوْمَنَآ إِنَّا سَمِعْنَا كِتَابًا أُنزِلَ مِن بَعْدِ مُوسَىٰ
مُصَدِّقًا لِّمَا بَيْنَ يَدَيْهِ يَهْدِيٓ إِلَى الْحَقِّ وَإِلَىٰ
طَرِيقٍ مُّسْتَقِيمٍ ﴿٣١﴾
يَا قَوْمَنَآ أَجِيبُوا دَاعِيَ اللَّهِ وَآمِنُوا بِهِ يَغْفِرْ لَكُم
مِّن ذُنُوبِكُمْ وَيُجِرْكُم مِّنْ عَذَابٍ أَلِيمٍ ﴿٣٢﴾
وَمَن لَّا يُجِبْ دَاعِيَ اللَّهِ فَلَيْسَ بِمُعْجِزٍ فِي الْأَرْضِ
وَلَيْسَ لَهُ مِن دُونِهِ أَوْلِيَاءُ أُولَٰئِكَ فِي ضَلَالٍ مُّبِينٍ ﴿٣٣﴾
أَوَلَمْ يَرَوْا أَنَّ اللَّهَ الَّذِي خَلَقَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ
وَلَمْ يَعْيَ بِخَلْقِهِنَّ بِقَادِرٍ عَلَىٰ أَن يُحْيِيَ الْمَوْتَىٰ
بَلَىٰ إِنَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٣٤﴾
وَيَوْمَ يُعْرَضُ الَّذِينَ كَفَرُوا عَلَى النَّارِ أَلَيْسَ هَٰذَا
بِالْحَقِّ قَالُوا بَلَىٰ وَرَبِّنَا قَالَ فَذُوقُوا الْعَذَابَ
بِمَا كُنتُمْ تَكْفُرُونَ ﴿٣٥﴾
فَاصْبِرْ كَمَا صَبَرَ أُولُو الْعَزْمِ مِنَ الرُّسُلِ وَلَا
تَسْتَعْجِل لَّهُمْ كَأَنَّهُمْ يَوْمَ يَرَوْنَ مَا يُوعَدُونَ
لَمْ يَلْبَثُوٓا إِلَّا سَاعَةً مِّن نَّهَارٍ بَلَاغٌ فَهَلْ يُهْلَكُ
إِلَّا الْقَوْمُ الْفَاسِقُونَ ﴿٣٦﴾




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. De tiuj, kiuj nekredas kaj devojigas de la afero de Allah, Li neniigos la farojn.

3. kaj de tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras kaj kredas je tio, kio estis sendita al Mahometo – tio estas la vero de ilia Sinjoro – Li forprenos la pekojn kaj Li plibonigos ilian staton.

4. Tio estas, ĉar la nekredantoj sekvas la falson kaj la kredantoj sekvas la veron de sia Sinjoro. Tiel Allah prezentas al la homoj iliajn similaĵojn.

5. Kiam vi renkontas la miskredantojn, frapu iliajn nukojn, ĝis vi venkos ilin; poste streĉu firme la katenojn de la restantoj. Poste estu aŭ pardono aŭ elaĉeto, ĝis la milito estos deponinta siajn armilojn. Tiel estas. Se Allah estus volinta, Li mem punus ilin, sed Li volis elprovi iujn el ili per la aliaj. De tiuj, kiuj estas mortigitaj por la afero de Allah, Li neniam neniigos la farojn.

6. Li ilin venkigos kaj plibonigos ilian staton,

7. kaj kondukos ilin en la Paradizon, kiun Li anoncis al ili.

8. Ho vi kredantoj, se vi helpas la aferon de Allah, ankaŭ Li helpos vin, kaj firmigos viajn paŝojn.

9. Kaj de la miskredantoj – ve al ili! Li neniigos la farojn.

10. Tio estas, ĉar ili malamas tion, kion Allah sendis, tial Li faras iliajn agojn senfruktaj.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
اَلَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَصَدُّوْا عَنْ سَبِيْلِ اللّٰهِ اَضَلَّ
اَعْمَالَهُمْ ②
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ وَاٰمَنُوْا بِمَا نُزِّلَ
عَلٰى مُحَمَّدٍ وَّهُوَ الْحَقُّ مِنْ رَّبِّهِمْ ۙ كَفَّرَ عَنْهُمْ
سَيِّاٰتِهِمْ وَاَصْلَحَ بَالَهُمْ ③
ذٰلِكَ بِاَنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوا اتَّبَعُوا الْبَاطِلَ وَاَنَّ الَّذِيْنَ
اٰمَنُوا اتَّبَعُوا الْحَقَّ مِنْ رَّبِّهِمْ كَذٰلِكَ يَضْرِبُ اللّٰهُ
لِلنَّاسِ اَمْثَالَهُمْ ④
فَاِذَا لَقِيْتُمُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا فَضَرْبَ الرِّقَابِ حَتّٰى اِذَا
اَثْخَنْتُمُوْهُمْ فَشُدُّوا الْوَثَاقَ فَاِمَّا مَنًّا بَعْدُ وَاِمَّا
فِدَاءً حَتّٰى تَضَعَ الْحَرْبُ اَوْزَارَهَا ذٰلِكَ وَلَوْ يَشَاءُ
اللّٰهُ لَانْتَصَرَ مِنْهُمْ وَلٰكِنْ لِّيَبْلُوَا بَعْضَكُمْ بِبَعْضٍ وَ
الَّذِيْنَ قُتِلُوْا فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ فَلَنْ يُّضِلَّ اَعْمَالَهُمْ ⑤
سَيَهْدِيْهِمْ وَيُصْلِحُ بَالَهُمْ ⑥
وَيُدْخِلُهُمُ الْجَنَّةَ عَرَّفَهَا لَهُمْ ⑦
يٰاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا اِنْ تَنْصُرُوا اللّٰهَ يَنْصُرْكُمْ وَ
يُثَبِّتْ اَقْدَامَكُمْ ⑧
وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا فَتَعْسًا لَّهُمْ وَاَضَلَّ اَعْمَالَهُمْ ⑨

11. Ĉu ili ne vojaĝis sur la tero por vidi, kiel estis la fino de tiuj antaŭ ili? Allah pereigis ilin, kaj la sama sorto estas destinita por la miskredantoj.

12. Tio estas, ĉar Allah estas la Protektanto de la kredantoj, kaj ĉar por la miskredantoj ne ekzistas protektanto.

13. Allah vere kondukos la kredantojn kaj la bonfarantojn en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, sed por la miskredantoj, kiuj ĝuas kaj manĝas, kiel manĝas la brutoj, la fajro estos loĝejo.

14. Kiom multajn urbojn Ni detruis, eĉ pli fortajn ol tiu via urbo, kiu forpelis vin (Profeto! )! Ili ne havis helpanton!

15. Ĉu egalas tiu, kiu sin apogas al la klaraj pruvoj de sia Sinjoro, al tiu, al kiu ŝajnas bela la malbono de liaj agoj, kaj kiu sekvas siajn malbonajn pasiojn?

16. Similaĵo pri la Paradizo, kiu estas promesita al la justuloj: en ĝi estas riveroj el akvo, kiu ne putriĝas, kaj riveroj el lakto, kies gusto ne ŝanĝiĝas, kaj riveroj el vino, bongusta por la trinkantoj, kaj riveroj el pura mielo. En ĝi ili havos ĉiuspecajn fruktojn kaj la pardonon de sia Sinjoro. Ĉu ili povas egali al tiuj, kiuj estas en la fajro, kaj trinkas bolantan akvon, kiu disŝiras iliajn intestojn?

17. Inter ili estas iuj, kiuj aŭskultas vin, sed, kiam ili foriras de vi, ili diras al tiuj, al kiuj estis donita la vera scio: "Kion li ĵus diris? ". Estas ili tiuj, kies korojn Allah sigelis, kaj kiuj sekvas siajn malbonajn pasiojn.

18. Por tiuj tamen, kiuj estas gvidataj, Li pliigas la gvidadon kaj Li donas al ili justecon.

19. Ĉu ili ion alian povas atendi, ol ke la Horo venos super ilin neatendite? Certe jam venis ĝiaj antaŭsignoj. Kiom tamen uti-

ذلك بأنهم كرهوا ما أنزل الله فأحبط أعمالهم ﴿٩﴾
أفلم يسيروا في الأرض فينظروا كيف كان
عاقبة الذين من قبلهم دمر الله عليهم و
للكافرين أمثالها ﴿١٠﴾
ذلك بأن الله مولى الذين آمنوا وأن الكافرين
لا مولى لهم ﴿١١﴾
إن الله يدخل الذين آمنوا وعملوا الصالحات
جنات تجري من تحتها الأنهار والذين كفروا
يتمتعون ويأكلون كما تأكل الأنعام والنار
مثوى لهم ﴿١٢﴾
وكأين من قرية هي أشد قوة من قريتك
التي أخرجتك أهلكناهم فلا ناصر لهم ﴿١٣﴾
أفمن كان على بينة من ربه كمن زين له سوء
عمله واتبعوا أهواءهم ﴿١٤﴾
مثل الجنة التي وعد المتقون فيها أنهار
من ماء غير آسن وأنهار من لبن لم يتغير
طعمه وأنهار من خمر لذة للشاربين وأنهار
من عسل مصفى ولهم فيها من كل الثمرات
ومغفرة من ربهم كمن هو خالد في النار
وسقوا ماء حميما فقطع أمعاءهم ﴿١٥﴾
ومنهم من يستمع إليك حتى إذا خرجوا من
عندك قالوا للذين أوتوا العلم ماذا قال آنفا

los al ili ilia memoro, kiam ĝi estos alveninta?

20. Tial sciu, ke ne ekzistas alia Dio ol Allah, do petu pardonon pro viaj mankoj kaj por la kredantoj kaj por la kredantinoj. Allah konas vian fervoran agadon kaj vian ripozejon.

21. La kredantoj diras: "Kial ne estas sendita ĉapitro? ", sed kiam decidiga ĉapitro estas sendita kaj en ĝi estas menciita la batalo, tiam vi vidas tiujn, en kies koroj estas malsano, rigardi vin per rigardo kvazaŭ ili estus svenantaj pro la alveno de la morto. Pereon super ili!

22. Obeemo kaj afabla vorto estus pli bonaj por ili. Kiam la afero estas decidita, estus pli bone por ili, se ili estus fidelaj al Allah.

23. Ĉu vi do volis estigi malpacon en la lando, kaj tranĉi la ligilojn de la samsangeco, turnante vin for?

24. Estas ili tiuj, kiujn Allah malbenas, tiel ke Li faras ilin surdaj kaj blindigas iliajn okulojn.

25. Ĉu ili do ne volas pripensi pri la Korano, aŭ ĉu sur iliaj koroj estas rigliloj?

26. Tiujn, kiuj turnas siajn dorsojn, post kiam evidentiĝis por ili la gvidilo, Satano trompis, kaj li plenigis ilin per falsaj esperoj.

27. Tio estas, ĉar ili diris al tiuj, kiuj malamas, kion Allah sendis: "Ni sekvos vin en iuj aferoj". Allah tamen konas iliajn sekretojn.

28. Kiel estas tamen, kiam la anĝeloj forprenas iliajn animojn kaj frapas iliajn vizaĝojn kaj iliajn dorsojn?

أُولَٰٓئِكَ الَّذِينَ طَبَعَ اللَّهُ عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ وَاتَّبَعُوٓا
أَهْوَآءَهُمْ (١٦)
وَالَّذِينَ اهْتَدَوْا زَادَهُمْ هُدًى وَآتٰهُمْ
تَقْوٰىهُمْ (١٧)
فَهَلْ يَنْظُرُونَ إِلَّا السَّاعَةَ أَنْ تَأْتِيَهُمْ بَغْتَةً
فَقَدْ جَآءَ أَشْرَاطُهَا ۚ فَأَنَّىٰ لَهُمْ إِذَا جَآءَتْهُمْ
ذِكْرٰىهُمْ (١٨)
فَاعْلَمْ أَنَّهُ لَآ إِلٰهَ إِلَّا اللَّهُ وَاسْتَغْفِرْ لِذَنْبِكَ وَ
لِلْمُؤْمِنِينَ وَالْمُؤْمِنٰتِ ۗ وَاللَّهُ يَعْلَمُ مُتَقَلَّبَكُمْ وَ
مَثْوٰىكُمْ (١٩)
وَيَقُولُ الَّذِينَ آمَنُوا لَوْلَا نُزِّلَتْ سُورَةٌ ۚ فَإِذَآ
أُنْزِلَتْ سُورَةٌ مُحْكَمَةٌ وَذُكِرَ فِيهَا الْقِتَالُ ۙ رَأَيْتَ
الَّذِينَ فِي قُلُوبِهِمْ مَرَضٌ يَنْظُرُونَ إِلَيْكَ نَظَرَ
الْمَغْشِيِّ عَلَيْهِ مِنَ الْمَوْتِ ۖ فَأَوْلَىٰ لَهُمْ (٢٠)
طَاعَةٌ وَقَوْلٌ مَعْرُوفٌ ۚ فَإِذَا عَزَمَ الْأَمْرُ فَلَوْ
صَدَقُوا اللَّهَ لَكَانَ خَيْرًا لَهُمْ (٢١)
فَهَلْ عَسَيْتُمْ إِنْ تَوَلَّيْتُمْ أَنْ تُفْسِدُوا فِي الْأَرْضِ
وَتُقَطِّعُوٓا أَرْحَامَكُمْ (٢٢)
أُولَٰٓئِكَ الَّذِينَ لَعَنَهُمُ اللَّهُ فَأَصَمَّهُمْ وَأَعْمَىٰٓ
أَبْصَارَهُمْ (٢٣)
أَفَلَا يَتَدَبَّرُونَ الْقُرْآنَ أَمْ عَلَىٰ قُلُوبٍ أَقْفَالُهَا (٢٤)
إِنَّ الَّذِينَ ارْتَدُّوا عَلَىٰٓ أَدْبَارِهِمْ مِنْ بَعْدِ مَا

29. Tio estas, ĉar ili sekvis tion, kio kolerigas Allahon, kaj malamis tion, kio plaĉas al Li. Li tial neniigis iliajn farojn.

تَبَيَّنَ لَهُمُ الْهُدَى الشَّيْطٰنُ سَوَّلَ لَهُمْ وَأَمْلٰى لَهُمْ ﴿٢٩﴾

ذٰلِكَ بِأَنَّهُمْ قَالُوا لِلَّذِينَ كَرِهُوا مَا نَزَّلَ اللّٰهُ سَنُطِيعُكُمْ فِي بَعْضِ الْأَمْرِ وَاللّٰهُ يَعْلَمُ إِسْرَارَهُمْ ﴿٣٠﴾

30. Ĉu imagas tiuj, en kies koroj estas malsano, ke Allah neniam evidentigos ilian malbonecon?

فَكَيْفَ إِذَا تَوَفَّتْهُمُ الْمَلٰٓئِكَةُ يَضْرِبُونَ وُجُوهَهُمْ وَأَدْبَارَهُمْ ﴿٣١﴾

31. Se Ni volus, Ni povus montri ilin al vi kaj vi povus rekoni ilin per iliaj distingiloj. Vi certe rekonos ilin per la sono de ilia voĉo. Allah konas viajn farojn.

ذٰلِكَ بِأَنَّهُمُ اتَّبَعُوا مَا أَسْخَطَ اللّٰهَ وَكَرِهُوا رِضْوَانَهُ فَأَحْبَطَ أَعْمَالَهُمْ ﴿٣٢﴾ ع

32. Ni certe volas elprovi vin por ekscii, kiuj el vi estas la batalantoj por la afero de Allah kaj la persistemuloj, kaj Ni volas evidentigi la faktojn pri vi.

أَمْ حَسِبَ الَّذِينَ فِي قُلُوبِهِمْ مَرَضٌ أَنْ لَنْ يُخْرِجَ اللّٰهُ أَضْغَانَهُمْ ﴿٣٣﴾

33. Tiuj, kiuj nekredas kaj devojigas de la afero de Allah kaj kontraŭstaras la senditon, post kiam evidentiĝis por ili la gvidilo, neniam malutilos al Allah. Li faros iliajn agojn senfruktaj.

وَلَوْ نَشَاءُ لَأَرَيْنٰكَهُمْ فَلَعَرَفْتَهُمْ بِسِيمٰهُمْ وَلَتَعْرِفَنَّهُمْ فِي لَحْنِ الْقَوْلِ وَاللّٰهُ يَعْلَمُ أَعْمَالَكُمْ ﴿٣٤﴾

34. Ho vi kredantoj, obeu Allahon kaj obeu la senditon kaj ne vanigu viajn agojn!

وَلَنَبْلُوَنَّكُمْ حَتّٰى نَعْلَمَ الْمُجٰهِدِينَ مِنْكُمْ وَالصّٰبِرِينَ وَنَبْلُوَا أَخْبَارَكُمْ ﴿٣٥﴾

35. Vere tiuj, kiuj nekredas kaj devojigas de la afero de Allah, poste mortas, kiam ili ankoraŭ estas miskredantoj – Allah neniam pardonos al ili.

إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا وَصَدُّوا عَنْ سَبِيلِ اللّٰهِ وَشَاقُّوا الرَّسُولَ مِنْ بَعْدِ مَا تَبَيَّنَ لَهُمُ الْهُدٰى لَنْ يَضُرُّوا اللّٰهَ شَيْئًا وَسَيُحْبِطُ أَعْمَالَهُمْ ﴿٣٦﴾

36. Tial ne laciĝu, por ke vi ne devu peti pacon de ili. Vi devas venki. Allah estas kun vi kaj Li neniam vanigos viajn verkojn.

يٰٓأَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا أَطِيعُوا اللّٰهَ وَأَطِيعُوا الرَّسُولَ وَلَا تُبْطِلُوا أَعْمَالَكُمْ ﴿٣٧﴾

37. Vere ĉi tiu vivo estas nur ludo kaj amuzaĵo, kaj, se vi kredas kaj respektegas Dion, Li donos al vi la rekompencon kaj ne volos forpreni de vi viajn propraĵojn.

إِنَّ الَّذِينَ كَفَرُوا وَصَدُّوا عَنْ سَبِيلِ اللّٰهِ ثُمَّ مَاتُوا وَهُمْ كُفَّارٌ فَلَنْ يَغْفِرَ اللّٰهُ لَهُمْ ﴿٣٨﴾

38. Se Li volus forpreni ilin de vi kaj volus devigi vin, vi fariĝus avaraj kaj Li tiam evidentigus vian malbonecon.

39. Rigardu! Vi estas tiuj, kiuj estis vokitaj por almozdoni por la afero de Allah, sed inter vi estas iuj, kiuj estas avaraj; tiu tamen, kiu estas avara, agas kontraŭ si mem, ĉar Allah estas la Memsufiĉa kaj vi estas dependaj. Se vi turnos vin for, Li estigos anstataŭ vi alian popolon, kaj ili ne estos similaj al vi.

فَلَا تَهِنُوا وَتَدْعُوٓا إِلَى السَّلْمِ وَأَنْتُمُ الْأَعْلَوْنَ
وَاللّٰهُ مَعَكُمْ وَلَنْ يَتِرَكُمْ أَعْمَالَكُمْ ۝٣٦
إِنَّمَا الْحَيٰوةُ الدُّنْيَا لَعِبٌ وَلَهْوٌ وَإِنْ تُؤْمِنُوا
وَتَتَّقُوا يُؤْتِكُمْ أُجُورَكُمْ وَلَا يَسْـَٔلْكُمْ أَمْوَالَكُمْ ۝٣٧
إِنْ يَسْـَٔلْكُمُوهَا فَيُحْفِكُمْ تَبْخَلُوا وَيُخْرِجْ
أَضْغَانَكُمْ ۝٣٨
هٰٓأَنْتُمْ هٰٓؤُلَآءِ تُدْعَوْنَ لِتُنْفِقُوا فِي سَبِيلِ اللّٰهِ
فَمِنْكُمْ مَنْ يَبْخَلُ وَمَنْ يَبْخَلْ فَإِنَّمَا يَبْخَلُ عَنْ
نَفْسِهِ وَاللّٰهُ الْغَنِيُّ وَأَنْتُمُ الْفُقَرَآءُ وَإِنْ تَتَوَلَّوْا
ع يَسْتَبْدِلْ قَوْمًا غَيْرَكُمْ ثُمَّ لَا يَكُونُوٓا أَمْثَالَكُمْ ۝٣٩

## Ĉapitro 48 **Al-Fath** (La venko) 26-a parto




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ni vere venkis por vi evidentan venkon,

3. por ke Allah pardonu al vi viajn pekojn malnovajn kaj novajn, kaj por ke Li plenumu Sian gracon al vi, kaj gvidu vin sur la rektan vojon,

4. kaj por ke Allah helpu vin per potenca helpo.

5. Estas Li Tiu, kiu sendas pacon en la korojn de la kredantoj, por ke ili aldonu kredon al sia kredo – al Allah apartenas la armeoj de la ĉieloj kaj de la tero, Allah estas ĉioscia, saĝa –

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيمِ ۝١
إِنَّا فَتَحْنَا لَكَ فَتْحًا مُّبِينًا ۝٢
لِيَغْفِرَ لَكَ اللّٰهُ مَا تَقَدَّمَ مِنْ ذَنْبِكَ وَمَا تَأَخَّرَ
وَيُتِمَّ نِعْمَتَهُ عَلَيْكَ وَيَهْدِيَكَ صِرَاطًا مُّسْتَقِيمًا ۝٣
وَيَنْصُرَكَ اللّٰهُ نَصْرًا عَزِيزًا ۝٤
هُوَ الَّذِيٓ أَنْزَلَ السَّكِينَةَ فِي قُلُوبِ الْمُؤْمِنِينَ
لِيَزْدَادُوٓا إِيمَانًا مَّعَ إِيمَانِهِمْ وَلِلّٰهِ جُنُودُ
السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ وَكَانَ اللّٰهُ عَلِيمًا حَكِيمًا ۝٥

6. kaj por ke Li enirigu la kredantojn kaj la kredantinojn en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj por resti tie por ĉiam, kaj por ke Li forprenu de ili iliajn malbonajn agojn — apud Allah tio estas la plej granda triumfo —

7. kaj por ke Li punu la hipokritulojn kaj la hipokritulinojn kaj la idolanojn kaj la idolaninojn, kiuj havas malbonajn pensojn pri Allah. Sur ilin venos terura malfeliĉo. La kolero de Allah estas super ili, kaj Li malbenis ilin kaj pretigis por ili la Inferon. Malbonega estas tiu destino!

8. Al Allah apartenas la armeoj de la ĉieloj kaj de la tero. Allah estas ĉiopova, saĝa.

9. Ni vere sendis vin kiel atestanton kaj kiel portanton de la bona novaĵo kaj kiel admonanton,

10. por ke vi kredu je Allah kaj al Lia sendito, kaj helpu lin kaj honoru lin kaj gloregu Lin matene kaj vespere.

11. Vere tiuj, kiuj ĵuras fidon al vi, nur al Allah ĵuras fidon. La mano de Allah estas super iliaj manoj. Tial, kiu perfidas, tiu perfidas sin mem, sed kiu plenumas tion, kion li promesis al Allah, al tiu Li donos grandegan rekompencon.

12. Diros al vi tiuj el la Araboj de la dezerto, kiuj restis malantaŭe:* "Niaj propraĵoj kaj niaj familioj tenis nin okupitaj, do petu pardonon por ni! ". Ili parolas per siaj langoj tion, kio ne estas en iliaj koroj. Diru: "Kiu povus ricevi por vi ion ajn de Allah, se Li volus trafi vin per malfeliĉo, aŭ se Li volus konsenti al vi ĝojon? Ne! Allah bone scias, kion vi faras.

13. Ne! Vi imagas, ke la sendito kaj la kredantoj neniam revenos al siaj familioj: tiu penso ŝajnis bela al viaj koroj kaj vi pensis

لِّيُدْخِلَ الْمُؤْمِنِينَ وَالْمُؤْمِنَاتِ جَنَّاتٍ تَجْرِي
مِن تَحْتِهَا الْأَنْهَارُ خَالِدِينَ فِيهَا وَيُكَفِّرَ عَنْهُمْ
سَيِّئَاتِهِمْ ۚ وَكَانَ ذَٰلِكَ عِندَ اللَّهِ فَوْزًا عَظِيمًا ٥
وَيُعَذِّبَ الْمُنَافِقِينَ وَالْمُنَافِقَاتِ وَالْمُشْرِكِينَ وَ
الْمُشْرِكَاتِ الظَّانِّينَ بِاللَّهِ ظَنَّ السَّوْءِ ۚ عَلَيْهِمْ دَائِرَةُ
السَّوْءِ ۖ وَغَضِبَ اللَّهُ عَلَيْهِمْ وَلَعَنَهُمْ وَأَعَدَّ لَهُمْ
جَهَنَّمَ ۖ وَسَاءَتْ مَصِيرًا ٦
وَلِلَّهِ جُنُودُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۚ وَكَانَ اللَّهُ عَزِيزًا
حَكِيمًا ٧
إِنَّا أَرْسَلْنَاكَ شَاهِدًا وَمُبَشِّرًا وَنَذِيرًا ٨
لِّتُؤْمِنُوا بِاللَّهِ وَرَسُولِهِ وَتُعَزِّرُوهُ وَتُوَقِّرُوهُ ۚ وَ
تُسَبِّحُوهُ بُكْرَةً وَأَصِيلًا ٩
إِنَّ الَّذِينَ يُبَايِعُونَكَ إِنَّمَا يُبَايِعُونَ اللَّهَ يَدُ اللَّهِ
فَوْقَ أَيْدِيهِمْ ۚ فَمَن نَّكَثَ فَإِنَّمَا يَنكُثُ عَلَىٰ
نَفْسِهِ ۖ وَمَنْ أَوْفَىٰ بِمَا عَاهَدَ عَلَيْهُ اللَّهَ فَسَيُؤْتِيهِ
أَجْرًا عَظِيمًا ١٠ ع
سَيَقُولُ لَكَ الْمُخَلَّفُونَ مِنَ الْأَعْرَابِ شَغَلَتْنَا
أَمْوَالُنَا وَأَهْلُونَا فَاسْتَغْفِرْ لَنَا ۚ يَقُولُونَ بِأَلْسِنَتِهِم
مَّا لَيْسَ فِي قُلُوبِهِمْ ۚ قُلْ فَمَن يَمْلِكُ لَكُم مِّنَ اللَّهِ
شَيْئًا إِنْ أَرَادَ بِكُمْ ضَرًّا أَوْ أَرَادَ بِكُمْ نَفْعًا ۚ بَلْ
كَانَ اللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ خَبِيرًا ١١
بَلْ ظَنَنتُمْ أَن لَّن يَنقَلِبَ الرَّسُولُ وَالْمُؤْمِنُونَ

* Temas pri la batalo apud Tabuk

malbonajn pensojn, kaj vi estas malpuriĝinta popolo".

14. Por tiuj, kiuj ne kredas je Allah kaj al lia Sendito, por la miskredantoj, Ni vere pretigis flamantan fajron.

15. Al Allah apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Li pardonas, al kiu Li volas, kaj Li punas, kiun Li volas. Allah estas senkulpigema, pardonema.

16. Diros tiuj, kiuj restis malantaŭe, kiam vi eliros al la batalakiraĵo por preni ĝin: "Permesu al ni, ke ni sekvu vin". Ili volus ŝanĝi la vorton de Allah. Diru: "Neniam vi sekvos min. Tiel parolis Allah antaŭe". Tiam ili diros: "Ne! Sed vi envias nin". Ne! Ili komprenas nur malmulte.

17. Diru al la Araboj de la dezerto, kiuj restis malantaŭe: "Vi estos vokataj kontraŭ popolo de fortegaj militistoj; batalu kontraŭ ili, ĝis ili submetiĝos. Se vi poste obeos, Allah donos al vi belegan rekompencon; se vi tamen turnos vin for, kiel vi antaŭe turnis vin for, Li punos vin per dolora puno".

18. Ne trafas riproĉo la blindulojn, nek trafas riproĉo la kriplulojn, nek trafas riproĉo la malsanulojn. Kiu obeas Allahon kaj Lian senditon, tiun Li kondukos en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj. Kiu tamen turnas sin for, tiun Li punos per dolora puno.

19. Certe Allah estis kontenta pri la kredantoj, kiam ili ĵuris fidon al vi sub la arbo*, kaj Li sciis, kio estas en iliaj koroj, tial Li sendis la pacon al ili kaj Li rekompencis ilin per tuja venko,

20. kaj per abunda batalakiraĵo, kiun ili prenis. Allah estas ĉiopova, saĝa.

---

* Apud Hudajbija

إلى أهليهم أبدا وزين ذلك في قلوبكم و
ظننتم ظن السوء وكنتم قوما بورا (١٢)
ومن لم يؤمن بالله ورسوله فإنا أعتدنا
للكافرين سعيرا (١٣)
ولله ملك السماوات والأرض يغفر لمن يشاء
ويعذب من يشاء وكان الله غفورا رحيما (١٤)
سيقول المخلفون إذا انطلقتم إلى مغانم
لتأخذوها ذرونا نتبعكم يريدون أن
يبدلوا كلام الله قل لن تتبعونا كذلكم قال
الله من قبل فسيقولون بل تحسدوننا بل
كانوا لا يفقهون إلا قليلا (١٥)
قل للمخلفين من الأعراب ستدعون إلى
قوم أولي بأس شديد تقاتلونهم أو يسلمون
فإن تطيعوا يؤتكم الله أجرا حسنا وإن
تتولوا كما توليتم من قبل يعذبكم عذابا
أليما (١٦)
ليس على الأعمى حرج ولا على الأعرج حرج
ولا على المريض حرج ومن يطع الله و
رسوله يدخله جنات تجري من تحتها
الأنهار ومن يتول يعذبه عذابا أليما (١٧)
لقد رضي الله عن المؤمنين إذ يبايعونك تحت
الشجرة فعلم ما في قلوبهم فأنزل السكينة

21. Allah promesis al vi abundan kaptaĵon, kiun vi prenos, kaj intertempe Li tuj donis al vi tion kaj Li tenis la manojn de la homoj for de vi, por ke tio estu signo por la kredantoj, kaj por gvidi vin sur la rektan vojon.

22. Alian venkon, kiun vi ankoraŭ ne povas atingi, vere Allah havas en Sia povo. Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

23. Se la miskredantoj estus batalintaj kontraŭ vi, ili certe estus turnintaj siajn dorsojn, poste ili ne estus trovintaj protektanton nek helpanton.

24. Tio estas la kutimo de Allah, kiel estis antaŭe; neniam vi trovos ŝanĝon pri la kutimo de Allah.

25. Estas Li Tiu, kiu tenis iliajn manojn for de vi kaj viajn manojn for de ili en la valo de Mekko, post kiam vi superis ilin. Vere Allah vidas, kion vi faras.

26. Estas ili tiuj, kiuj nekredis kaj haltigis vin for de la Sankta Moskeo, kaj malhelpis la oferon atingi sian celon. Se ne estus la kredantaj viroj kaj la kredantaj virinoj, kiujn vi ne konis, kaj kiujn vi eble estus surtretintaj nevole - tiel, ke vin estus trafinta pro ili riproĉo de krimo, nescie – li estus permesinta vin batali. Li tamen haltigis vin, por ke Allah enirigu en Sian gracon tiun, kiun Li volas. Se ili estus disigitaj, Ni certe estus trafinta per dolora puno tiujn el ili, kiuj nekredis.

27. Kiam la miskredantoj akceptis en siajn korojn la malŝaton, la malŝaton, kiu devenas de la nescio, Allah sendis Sian pacon al Sia sendito kaj al la kredantoj kaj Li ordonis al ili la kredon de la justeco kaj ili pravis kaj meritis ĝin. Allah konas ĉiujn aferojn.

عَلَيْهِمْ وَأَثَابَهُمْ فَتْحًا قَرِيبًا ﴿١٩﴾
وَمَغَانِمَ كَثِيرَةً يَأْخُذُونَهَا ۗ وَكَانَ اللَّهُ عَزِيزًا
حَكِيمًا ﴿٢٠﴾
وَعَدَكُمُ اللَّهُ مَغَانِمَ كَثِيرَةً تَأْخُذُونَهَا فَعَجَّلَ
لَكُمْ هَٰذِهِ وَكَفَّ أَيْدِيَ النَّاسِ عَنكُمْ وَلِتَكُونَ
آيَةً لِّلْمُؤْمِنِينَ وَيَهْدِيَكُمْ صِرَاطًا مُّسْتَقِيمًا ﴿٢١﴾
وَأُخْرَىٰ لَمْ تَقْدِرُوا عَلَيْهَا قَدْ أَحَاطَ اللَّهُ بِهَا
وَكَانَ اللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرًا ﴿٢٢﴾
وَلَوْ قَاتَلَكُمُ الَّذِينَ كَفَرُوا لَوَلَّوُا الْأَدْبَارَ ثُمَّ لَا
يَجِدُونَ وَلِيًّا وَلَا نَصِيرًا ﴿٢٣﴾
سُنَّةَ اللَّهِ الَّتِي قَدْ خَلَتْ مِن قَبْلُ ۖ وَلَن تَجِدَ
لِسُنَّةِ اللَّهِ تَبْدِيلًا ﴿٢٤﴾
وَهُوَ الَّذِي كَفَّ أَيْدِيَهُمْ عَنكُمْ وَأَيْدِيَكُمْ
عَنْهُم بِبَطْنِ مَكَّةَ مِن بَعْدِ أَنْ أَظْفَرَكُمْ عَلَيْهِمْ
وَكَانَ اللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرًا ﴿٢٥﴾
هُمُ الَّذِينَ كَفَرُوا وَصَدُّوكُمْ عَنِ الْمَسْجِدِ الْحَرَامِ
وَالْهَدْيَ مَعْكُوفًا أَن يَبْلُغَ مَحِلَّهُ ۚ وَلَوْلَا رِجَالٌ
مُّؤْمِنُونَ وَنِسَاءٌ مُّؤْمِنَاتٌ لَّمْ تَعْلَمُوهُمْ أَن
تَطَئُوهُمْ فَتُصِيبَكُم مِّنْهُم مَّعَرَّةٌ بِغَيْرِ عِلْمٍ ۖ
لِّيُدْخِلَ اللَّهُ فِي رَحْمَتِهِ مَن يَشَاءُ ۚ لَوْ تَزَيَّلُوا
لَعَذَّبْنَا الَّذِينَ كَفَرُوا مِنْهُمْ عَذَابًا أَلِيمًا ﴿٢٦﴾
إِذْ جَعَلَ الَّذِينَ كَفَرُوا فِي قُلُوبِهِمُ الْحَمِيَّةَ حَمِيَّةَ

28. Allah vere plenumis al Sia sendito en vero lian vizion: "Vi certe eniros en la Sanktan Moskeon, se Allah volas, sekuraj, kun razitaj kapoj aŭ kun mallonga hararo. Vi ne timos, ĉar Li scias, kion vi ne scias. Krome, Li destinis tujan venkon.

29. Estas Li Tiu, kiu sendis Sian senditon kun la gvidilo kaj kun la vera religio por igi ĝin venki super ĉiu religio. Allah sufiĉas kiel atestanto.

30. Mahometo estas sendito de Allah. Tiuj, kiuj estas kun li, estas severaj kontraŭ la miskredantoj, sed afablaj inter si. Vi vidas ilin riverenci, terenkuŝiĝi, strebante al la graco de Allah kaj al Lia plezuro. Iliaj distingiloj estas sur iliaj vizaĝoj: la signoj de la terenkuŝiĝo. Jen ilia similaĵo en la Torao kaj ilia similaĵo en la Evangelio: "Ili estas kiel la semgrajno, kiu estigas sian ĝermon, poste plifortigas ĝin, poste ĝi dikiĝas kaj firme staras sur sia trunketo, ĝojigante la semistojn". Ĝi kolerigos la miskredantojn. Allah promesis al tiuj el ili, kiuj kredas kaj bonfaras, pardonon kaj grandegan rekompencon.

الْجَاهِلِيَّةِ فَأَنْزَلَ اللّٰهُ سَكِينَتَهُ عَلٰى رَسُولِهِ وَ
عَلَى الْمُؤْمِنِينَ وَأَلْزَمَهُمْ كَلِمَةَ التَّقْوٰى وَكَانُوٓا
أَحَقَّ بِهَا وَأَهْلَهَا ۚ وَكَانَ اللّٰهُ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمًا ﴿٢٧﴾
لَقَدْ صَدَقَ اللّٰهُ رَسُولَهُ الرُّءْيَا بِالْحَقِّ ۚ لَتَدْخُلُنَّ
الْمَسْجِدَ الْحَرَامَ إِنْ شَاءَ اللّٰهُ آمِنِينَ ۙ مُحَلِّقِينَ
رُءُوسَكُمْ وَمُقَصِّرِينَ ۙ لَا تَخَافُونَ ۖ فَعَلِمَ مَا لَمْ
تَعْلَمُوا فَجَعَلَ مِنْ دُونِ ذٰلِكَ فَتْحًا قَرِيبًا ﴿٢٨﴾
هُوَ الَّذِي أَرْسَلَ رَسُولَهُ بِالْهُدٰى وَدِينِ الْحَقِّ
لِيُظْهِرَهُ عَلَى الدِّينِ كُلِّهِ ۚ وَكَفٰى بِاللّٰهِ شَهِيدًا ﴿٢٩﴾
مُحَمَّدٌ رَسُولُ اللّٰهِ ۚ وَالَّذِينَ مَعَهُ أَشِدَّاءُ عَلَى الْكُفَّارِ
رُحَمَاءُ بَيْنَهُمْ ۖ تَرٰىهُمْ رُكَّعًا سُجَّدًا يَبْتَغُونَ فَضْلًا
مِنَ اللّٰهِ وَرِضْوَانًا ۖ سِيمَاهُمْ فِي وُجُوهِهِمْ مِنْ
أَثَرِ السُّجُودِ ۚ ذٰلِكَ مَثَلُهُمْ فِي التَّوْرٰىةِ ۚ وَمَثَلُهُمْ
فِي الْإِنْجِيلِ كَزَرْعٍ أَخْرَجَ شَطْأَهُ فَآزَرَهُ فَاسْتَغْلَظَ
فَاسْتَوٰى عَلٰى سُوقِهِ يُعْجِبُ الزُّرَّاعَ لِيَغِيظَ بِهِمُ
الْكُفَّارَ ۗ وَعَدَ اللّٰهُ الَّذِينَ آمَنُوا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ
مِنْهُمْ مَغْفِرَةً وَأَجْرًا عَظِيمًا ﴿٣٠﴾




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho vi kredantoj, ne estu provokantaj en la ĉeesto de Allah kaj de Lia sendito, sed respektegu Allahon. Vere Allah estas ĉioaŭda, ĉioscia.

3. Ho vi kredantoj, ne laŭtigu viajn voĉojn super tiun de la Profeto kaj ne parolu tiel laŭte al li, kiel vi kutimas paroli unu kun la alia, por ke ne vaniĝu viaj faroj, dum vi ne priatentas.

4. Kiuj mallaŭtigas siajn voĉojn antaŭ la sendito de Allah, estas ili tiuj, kies korojn Allah purigis en justeco. Por ili estos pardono kaj grandega rekompenco.

5. Kiuj tamen vokas vin laŭte de ekster la loĝĉambroj, la plej multaj el ili ne komprenas.

6. Se ili havus paciencon, ĝis vi eliras al ili, por ili estus pli bone. Allah estas senkulpigema, pardonema.

7. Ho vi kredantoj, se iu malbonulo venas al vi kun iu novaĵo, kontrolu ĝin, por ke vi ne faru maljustecon al gento nescianta kaj devu penti poste pro tio, kion vi faris.

8. Sciu, ke la sendito de Allah estas inter vi. Se li kondutus pri kelkaj aferoj laŭ via volo, vi pereus, sed Allah beligis la kredon por vi kaj ornamis ĝin en viaj koroj kaj Li igis vin malami la miskredon kaj la malbonfaron kaj la kontraŭstaron. Estas ili tiuj, kiuj sekvas la rektan vojon

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تُقَدِّمُوْا بَيْنَ يَدَيِ اللّٰهِ
وَرَسُوْلِهٖ وَاتَّقُوا اللّٰهَ ۗ اِنَّ اللّٰهَ سَمِيْعٌ عَلِيْمٌ (٢)
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَرْفَعُوْۤا اَصْوَاتَكُمْ فَوْقَ
صَوْتِ النَّبِيِّ وَلَا تَجْهَرُوْا لَهٗ بِالْقَوْلِ كَجَهْرِ
بَعْضِكُمْ لِبَعْضٍ اَنْ تَحْبَطَ اَعْمَالُكُمْ وَاَنْتُمْ
لَا تَشْعُرُوْنَ (٣)
اِنَّ الَّذِيْنَ يَغُضُّوْنَ اَصْوَاتَهُمْ عِنْدَ رَسُوْلِ اللّٰهِ
اُولٰٓئِكَ الَّذِيْنَ امْتَحَنَ اللّٰهُ قُلُوْبَهُمْ لِلتَّقْوٰى ۗ
لَهُمْ مَّغْفِرَةٌ وَّاَجْرٌ عَظِيْمٌ (٤)
اِنَّ الَّذِيْنَ يُنَادُوْنَكَ مِنْ وَّرَآءِ الْحُجُرٰتِ
اَكْثَرُهُمْ لَا يَعْقِلُوْنَ (٥)
وَلَوْ اَنَّهُمْ صَبَرُوْا حَتّٰى تَخْرُجَ اِلَيْهِمْ لَكَانَ
خَيْرًا لَّهُمْ ۗ وَاللّٰهُ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ (٦)
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْۤا اِنْ جَآءَكُمْ فَاسِقٌ ۢ بِنَبَاٍ
فَتَبَيَّنُوْۤا اَنْ تُصِيْبُوْا قَوْمًا ۢ بِجَهَالَةٍ فَتُصْبِحُوْا
عَلٰى مَا فَعَلْتُمْ نٰدِمِيْنَ (٧)
وَاعْلَمُوْۤا اَنَّ فِيْكُمْ رَسُوْلَ اللّٰهِ ۗ لَوْ يُطِيْعُكُمْ فِيْ
كَثِيْرٍ مِّنَ الْاَمْرِ لَعَنِتُّمْ وَلٰكِنَّ اللّٰهَ حَبَّبَ اِلَيْكُمُ

* v. la verson 5an

9. per la graco kaj la kompato de Allah. Allah estas ĉioscia, saĝa.

10. Se du partioj de kredantoj batalas unu kontraŭ la alia, pacigu ilin ambaŭ, sed se unu el ili ekscesas kontraŭ la alia, tiam batalu kontraŭ tiu, kiu ekscesis, ĝis ĝi revenos al la obeemo al Allah. Kiam ĝi revenas, pacigu ilin ambaŭ laŭ justeco kaj agu juste. Vere Allah amas tiujn, kiuj agas juste.

11. Vere la kredantoj estas fratoj, do pacigu viajn fratojn kaj respektegu Allahon, por ke estu kompato por vi.

12. Ho vi kredantoj! Ne ridu iuj el vi pri la aliaj – eble ĉi tiuj estas pli bonaj ol tiuj – nek virinoj pri aliaj virinoj – eble ĉi tiuj estas pli bonaj ol tiuj. Ne kalumniu kaj ne insultu unu la alian. Malbona estas la akuzo de malvirto post la kredo! Kiuj ne pentas, tiuj estas la malpieguloj.

13. Ho vi kredantoj, evitu la oftan suspektadon, ĉar kelkaj suspektoj estas peko, kaj ne spionu kaj ne kalumniu unu la alian. Ĉu al iu el vi plaĉus manĝi la karnon de sia frato mortinta? Vi certe abomenus tion. Respektegu do Allahon. Vere Allah estas grandanima, pardonema.

14. Ho vi homoj! Ni kreis vin el viro kaj virino kaj faris vin popoloj kaj triboj por ke vi ekkonu unu la alian. Vere antaŭ Allah la plej eminenta el vi estas tiu, kiu estas la plej justa. Vere Allah estas ĉioscia, ĉiokona.

15. La Araboj de la dezerto diras: "Ni kredas". Diru: "Vi ne kredas, vi nur diras: "Ni akceptis la Islamon", sed la kredo ankoraŭ ne eniris en viajn korojn". Se vi tamen obeos Allahon kaj Lian senditon, tiam Li malpliigos neniun el viaj faroj. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

16. Vere, kredantoj estas nur tiuj, kiuj kredas je Allah kaj al Lia sendito, poste ne du-

الْإِيمَانَ وَزَيَّنَهُ فِي قُلُوبِكُمْ وَكَرَّهَ إِلَيْكُمُ الْكُفْرَ
وَالْفُسُوقَ وَالْعِصْيَانَ ۚ أُولَٰئِكَ هُمُ الرَّاشِدُونَ ﴿٨﴾
فَضْلًا مِّنَ اللَّهِ وَنِعْمَةً ۚ وَاللَّهُ عَلِيمٌ حَكِيمٌ ﴿٩﴾
وَإِن طَائِفَتَانِ مِنَ الْمُؤْمِنِينَ اقْتَتَلُوا فَأَصْلِحُوا
بَيْنَهُمَا ۖ فَإِن بَغَتْ إِحْدَاهُمَا عَلَى الْأُخْرَىٰ فَقَاتِلُوا
الَّتِي تَبْغِي حَتَّىٰ تَفِيءَ إِلَىٰ أَمْرِ اللَّهِ ۚ فَإِن فَاءَتْ
فَأَصْلِحُوا بَيْنَهُمَا بِالْعَدْلِ وَأَقْسِطُوا ۖ إِنَّ اللَّهَ
يُحِبُّ الْمُقْسِطِينَ ﴿١٠﴾
إِنَّمَا الْمُؤْمِنُونَ إِخْوَةٌ فَأَصْلِحُوا بَيْنَ أَخَوَيْكُمْ
وَاتَّقُوا اللَّهَ لَعَلَّكُمْ تُرْحَمُونَ ﴿١١﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا لَا يَسْخَرْ قَوْمٌ مِّن قَوْمٍ عَسَىٰ
أَن يَكُونُوا خَيْرًا مِّنْهُمْ وَلَا نِسَاءٌ مِّن نِّسَاءٍ عَسَىٰ
أَن يَكُنَّ خَيْرًا مِّنْهُنَّ ۖ وَلَا تَلْمِزُوا أَنفُسَكُمْ وَلَا
تَنَابَزُوا بِالْأَلْقَابِ ۖ بِئْسَ الِاسْمُ الْفُسُوقُ بَعْدَ
الْإِيمَانِ ۚ وَمَن لَّمْ يَتُبْ فَأُولَٰئِكَ هُمُ الظَّالِمُونَ ﴿١٢﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا اجْتَنِبُوا كَثِيرًا مِّنَ الظَّنِّ إِنَّ
بَعْضَ الظَّنِّ إِثْمٌ ۖ وَلَا تَجَسَّسُوا وَلَا يَغْتَب
بَّعْضُكُم بَعْضًا ۚ أَيُحِبُّ أَحَدُكُمْ أَن يَأْكُلَ لَحْمَ
أَخِيهِ مَيْتًا فَكَرِهْتُمُوهُ ۚ وَاتَّقُوا اللَّهَ ۚ إِنَّ اللَّهَ
تَوَّابٌ رَّحِيمٌ ﴿١٣﴾
يَا أَيُّهَا النَّاسُ إِنَّا خَلَقْنَاكُم مِّن ذَكَرٍ وَأُنثَىٰ
وَجَعَلْنَاكُمْ شُعُوبًا وَقَبَائِلَ لِتَعَارَفُوا ۚ إِنَّ

bas, sed batalas per siaj propraĵoj kaj per sia tuta animo por la afero de Allah. Tiuj estas la sinceremuloj.

17. Diru: "Ĉu vi volas instrui Allahon pri via religio, kvankam Allah scias ĉion, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero, kaj kvankam Allah scias ĉiujn aĵojn? ".

18. Ili rigardas kiel favoron faritan al vi, ke ili akceptis la Islamon. Diru: "Ne rigardu kiel favoron al mi, ke vi akceptis la Islamon. Ne! Male, Allah donis favoron al vi, ĉar Li gvidis vin al la kredo, se vi estas sinceraj".

19. Vere Allah konas la sekretojn de la ĉieloj kaj de la tero kaj Allah vidas, kion vi faras.

أَكْرَمَكُمْ عِنْدَ اللَّهِ أَتْقَاكُمْ ۚ إِنَّ اللَّهَ عَلِيمٌ
خَبِيرٌ ﴿١٣﴾
قَالَتِ الْأَعْرَابُ آمَنَّا ۖ قُلْ لَمْ تُؤْمِنُوا وَلَٰكِنْ
قُولُوا أَسْلَمْنَا وَلَمَّا يَدْخُلِ الْإِيمَانُ فِي قُلُوبِكُمْ ۖ
وَإِنْ تُطِيعُوا اللَّهَ وَرَسُولَهُ لَا يَلِتْكُمْ مِنْ أَعْمَالِكُمْ
شَيْئًا ۚ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَحِيمٌ ﴿١٤﴾
إِنَّمَا الْمُؤْمِنُونَ الَّذِينَ آمَنُوا بِاللَّهِ وَرَسُولِهِ ثُمَّ
لَمْ يَرْتَابُوا وَجَاهَدُوا بِأَمْوَالِهِمْ وَأَنْفُسِهِمْ فِي
سَبِيلِ اللَّهِ ۚ أُولَٰئِكَ هُمُ الصَّادِقُونَ ﴿١٥﴾
قُلْ أَتُعَلِّمُونَ اللَّهَ بِدِينِكُمْ وَاللَّهُ يَعْلَمُ مَا فِي
السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ ۚ وَاللَّهُ بِكُلِّ شَيْءٍ
عَلِيمٌ ﴿١٦﴾
يَمُنُّونَ عَلَيْكَ أَنْ أَسْلَمُوا ۖ قُلْ لَا تَمُنُّوا عَلَيَّ إِسْلَامَكُمْ ۖ
بَلِ اللَّهُ يَمُنُّ عَلَيْكُمْ أَنْ هَدَاكُمْ لِلْإِيمَانِ إِنْ
كُنْتُمْ صَادِقِينَ ﴿١٧﴾
إِنَّ اللَّهَ يَعْلَمُ غَيْبَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۚ وَاللَّهُ
بَصِيرٌ بِمَا تَعْمَلُونَ ﴿١٨﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Kāf. Per la glora Korano!

3. Jen! Ili miras, ĉar al ili venis admonanto el ilia mezo, kaj la miskredantoj diras: "Ĉi tio estas mirindaĵo!

4. Kiel? Post kiam ni mortis kaj fariĝis polvo, ĉu ni reviviĝos? Ĉi tiu reveno estas neebla".

5. Ni certe scias, kion la tero konsumas el ili, kaj ĉe Ni estas Libro, kiu ĉion enhavas.

6. Ne! Ili rifuzis la veron, kiam ĝi venis al ili, kaj ili nun troviĝas en konfuza stato.

7. Ĉu ili ne rigardis la ĉielon supre, kiel Ni konstruis kaj ornamis ĝin, kaj kiel ĝi ne havas makulon?

8. Kaj la teron — Ni plivastigis ĝin kaj Ni estigis sur ĝi firmajn montojn kaj Ni elirigis de ĝi ĉiuspecajn belajn parojn

9. kiel klarigilon kaj admonilon por ĉiu servanto, kiu konvertiĝas,

10. kaj Ni sendis el la nuboj akvon benatan, kaj per ĝi Ni estigis ĝardenojn kaj grenon por rikolti

11. kaj altajn palmojn, sur kiuj estas fruktospikoj unu super la alia,

12. provizaĵo por la servantoj, kaj Ni revivigis per ĝi senvivan teron. Tiel estos la reviviĝo.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ١
قٓ ۚ وَالْقُرْاٰنِ الْمَجِيْدِ ٢
بَلْ عَجِبُوْٓا اَنْ جَآءَهُمْ مُّنْذِرٌ مِّنْهُمْ فَقَالَ الْكٰفِرُوْنَ
هٰذَا شَيْءٌ عَجِيْبٌ ٣
ءَاِذَا مِتْنَا وَكُنَّا تُرَابًا ۚ ذٰلِكَ رَجْعٌۢ بَعِيْدٌ ٤
قَدْ عَلِمْنَا مَا تَنْقُصُ الْاَرْضُ مِنْهُمْ ۚ وَعِنْدَنَا
كِتٰبٌ حَفِيْظٌ ٥
بَلْ كَذَّبُوْا بِالْحَقِّ لَمَّا جَآءَهُمْ فَهُمْ فِيْٓ اَمْرٍ
مَّرِيْجٍ ٦
اَفَلَمْ يَنْظُرُوْٓا اِلَى السَّمَآءِ فَوْقَهُمْ كَيْفَ بَنَيْنٰهَا
وَزَيَّنّٰهَا وَمَا لَهَا مِنْ فُرُوْجٍ ٧
وَالْاَرْضَ مَدَدْنٰهَا وَاَلْقَيْنَا فِيْهَا رَوَاسِيَ وَاَنْۢبَتْنَا
فِيْهَا مِنْ كُلِّ زَوْجٍۢ بَهِيْجٍ ٨
تَبْصِرَةً وَّذِكْرٰى لِكُلِّ عَبْدٍ مُّنِيْبٍ ٩
وَنَزَّلْنَا مِنَ السَّمَآءِ مَآءً مُّبٰرَكًا فَاَنْۢبَتْنَا بِهٖ جَنّٰتٍ
وَّحَبَّ الْحَصِيْدِ ١٠
وَالنَّخْلَ بٰسِقٰتٍ لَّهَا طَلْعٌ نَّضِيْدٌ ١١
رِّزْقًا لِّلْعِبَادِ ۙ وَاَحْيَيْنَا بِهٖ بَلْدَةً مَّيْتًا ۚ كَذٰلِكَ
الْخُرُوْجُ ١٢

* Mallongigo: Ĉiopova!

13. Jam antaŭ ili rifuzis la popolo de Noa kaj la Popolo de la Puto kaj Tamûd,

14. kaj la Aadanoj kaj Faraono kaj la fratoj de Lot,

15. kaj la Popolo de l' Arbaro* kaj la popolo de Tubba.** Ĉiuj kulpigis pri mensogo la senditojn, tial Mia minaco realiĝis.

16. Ĉu Ni laciĝis pro la unua kreo? Ne! Tamen ili estas en dubo pri la nova kreo.

17. Vere, Ni kreis la homon kaj Ni scias, kion flustras al li lia animo, ĉar Ni estas pli proksima al li ol lia gorĝvejno.

18. Kiam la du anĝeloj registrantaj registras, sidante je la dekstra kaj je la maldekstra flanko,

19. kiam li elparolas vorton, ĉiam estas apud li gardanto, ĉiam preta por registri.

20. Certe venos la angoro de la morto, vere: "Estas tio, de kio vi provis fuĝi",

21. kaj estos blovite en la trumpeton: "Ĉi tiu estas la tago de la minaco".

22. Ĉiu animo venos, kun ĝi unu puŝanto kaj unu atestanto:

23. "Vi vere kutimis ignori tion; Ni tamen forprenis de vi vian vualon kaj via rigardo hodiaŭ estas penetranta".

24. Lia kunulo diros: "Ĉi tio estas preta ĉe mi por esti atestita".

25. "Ĵetu, vi ambaŭ, en la Inferon ĉiun ribeleman miskredanton,

كَذَّبَتْ قَبْلَهُمْ قَوْمُ نُوحٍ وَّاَصْحٰبُ الرَّسِّ وَثَمُوْدُ ﴿١٣﴾
وَعَادٌ وَّفِرْعَوْنُ وَاِخْوَانُ لُوْطٍ ﴿١٤﴾
وَّاَصْحٰبُ الْاَيْكَةِ وَقَوْمُ تُبَّعٍ كُلٌّ كَذَّبَ الرُّسُلَ
فَحَقَّ وَعِيْدِ ﴿١٥﴾
اَفَعَيِيْنَا بِالْخَلْقِ الْاَوَّلِ بَلْ هُمْ فِيْ لَبْسٍ مِّنْ
خَلْقٍ جَدِيْدٍ ﴿١٦﴾
وَلَقَدْ خَلَقْنَا الْاِنْسَانَ وَنَعْلَمُ مَا تُوَسْوِسُ بِهٖ
نَفْسُهٗ ۚۖ وَنَحْنُ اَقْرَبُ اِلَيْهِ مِنْ حَبْلِ الْوَرِيْدِ ﴿١٧﴾
اِذْ يَتَلَقَّى الْمُتَلَقِّيٰنِ عَنِ الْيَمِيْنِ وَعَنِ الشِّمَالِ
قَعِيْدٌ ﴿١٨﴾
مَا يَلْفِظُ مِنْ قَوْلٍ اِلَّا لَدَيْهِ رَقِيْبٌ عَتِيْدٌ ﴿١٩﴾
وَجَآءَتْ سَكْرَةُ الْمَوْتِ بِالْحَقِّ ذٰلِكَ مَا كُنْتَ
مِنْهُ تَحِيْدُ ﴿٢٠﴾
وَنُفِخَ فِي الصُّوْرِ ذٰلِكَ يَوْمُ الْوَعِيْدِ ﴿٢١﴾
وَجَآءَتْ كُلُّ نَفْسٍ مَّعَهَا سَآئِقٌ وَّشَهِيْدٌ ﴿٢٢﴾
لَقَدْ كُنْتَ فِيْ غَفْلَةٍ مِّنْ هٰذَا فَكَشَفْنَا عَنْكَ
غِطَآءَكَ فَبَصَرُكَ الْيَوْمَ حَدِيْدٌ ﴿٢٣﴾
وَقَالَ قَرِيْنُهٗ هٰذَا مَا لَدَيَّ عَتِيْدٌ ﴿٢٤﴾
اَلْقِيَا فِيْ جَهَنَّمَ كُلَّ كَفَّارٍ عَنِيْدٍ ﴿٢٥﴾
مَّنَّاعٍ لِّلْخَيْرِ مُعْتَدٍ مُّرِيْبٍ ﴿٢٦﴾
اِلَّذِيْ جَعَلَ مَعَ اللّٰهِ اِلٰهًا اٰخَرَ فَاَلْقِيٰهُ فِي الْعَذَابِ
الشَّدِيْدِ ﴿٢٧﴾

---

* Inter Jemen kaj Palestino, apud Madjan

** Nomo de la reĝoj de Jemen

26. kiu malhelpas la bonon, ĉiun ekscesanton, dubanton,

27. kiu metis apud Allah alian Dion. Ĵetu lin do, vi ambaŭ, en la severan punon! ".

28. Lia kunulo diros: "Nia Sinjoro, mi ne delogis lin al la ribelemo, li mem iris malproksimegen en la erarado! ".

29. Li diros: "Ne disputu en Mia ĉeesto. Mi certe sendis antaŭ vi mian minacon.

30. La vorto ne ŝanĝiĝas ĉe Mi kaj Mi neniel estas maljusta kontraŭ la servantoj".

31. En tiu tago Ni diros al la Infero: "Ĉu vi estas plena? ", kaj ĝi respondos: "Ĉu estas ankoraŭ plie? "

32. kaj la Paradizo estos alproksimigita al la justuloj, ĝi ne plu estos malproksima.

33. "Tio estas, kio estis promesita – por ĉiu, kiu ĉiam turnas sin al Li kaj atentas,

34. kiu respektegis la Doneman sekrete, kaj venis al Li kun pentema koro:

35. Eniru en ĝin en paco. Tiu ĉi estas la tago de la Eterneco".

36. En ĝi ili posedas ĉion, kion ili volas, kaj ĉe Ni estas eĉ plie da tio.

37. Kiom multajn popolojn Ni neniigis antaŭ ili! Ili estis pli fortaj ol ĉi tiuj je povo. Ili serĉis ĉie ĉirkaŭe, ĉu estas rifuĝejo.

38. Vere en tio estas admono por tiu, kiu posedas koron kaj aŭskultas kaj atentas.

39. Vere, Ni kreis la ĉielojn kaj la teron, kaj tion, kio estas inter ili ambaŭ, en ses tagoj kaj Nin ne tuŝis laceco.

40. Tial toleru pacience, kion ili diras, kaj

قَالَ قَرِينُهُ رَبَّنَا مَا أَطْغَيْتُهُ وَلَٰكِن كَانَ فِي
ضَلَٰلٍ بَعِيدٍ ﴿٢٨﴾
قَالَ لَا تَخْتَصِمُوا لَدَيَّ وَقَدْ قَدَّمْتُ إِلَيْكُم
بِالْوَعِيدِ ﴿٢٩﴾
مَا يُبَدَّلُ الْقَوْلُ لَدَيَّ وَمَا أَنَا بِظَلَّٰمٍ لِّلْعَبِيدِ ﴿٣٠﴾
يَوْمَ نَقُولُ لِجَهَنَّمَ هَلِ امْتَلَأْتِ وَتَقُولُ هَلْ
مِن مَّزِيدٍ ﴿٣١﴾
وَأُزْلِفَتِ الْجَنَّةُ لِلْمُتَّقِينَ غَيْرَ بَعِيدٍ ﴿٣٢﴾
هَٰذَا مَا تُوعَدُونَ لِكُلِّ أَوَّابٍ حَفِيظٍ ﴿٣٣﴾
مَّنْ خَشِيَ الرَّحْمَٰنَ بِالْغَيْبِ وَجَاءَ بِقَلْبٍ مُّنِيبٍ ﴿٣٤﴾
ادْخُلُوهَا بِسَلَٰمٍ ذَٰلِكَ يَوْمُ الْخُلُودِ ﴿٣٥﴾
لَهُم مَّا يَشَاءُونَ فِيهَا وَلَدَيْنَا مَزِيدٌ ﴿٣٦﴾
وَكَمْ أَهْلَكْنَا قَبْلَهُم مِّن قَرْنٍ هُمْ أَشَدُّ مِنْهُم
بَطْشًا فَنَقَّبُوا فِي الْبِلَٰدِ هَلْ مِن مَّحِيصٍ ﴿٣٧﴾
إِنَّ فِي ذَٰلِكَ لَذِكْرَىٰ لِمَن كَانَ لَهُ قَلْبٌ أَوْ أَلْقَى
السَّمْعَ وَهُوَ شَهِيدٌ ﴿٣٨﴾
وَلَقَدْ خَلَقْنَا السَّمَٰوَٰتِ وَالْأَرْضَ وَمَا بَيْنَهُمَا فِي
سِتَّةِ أَيَّامٍ وَمَا مَسَّنَا مِن لُّغُوبٍ ﴿٣٩﴾
فَاصْبِرْ عَلَىٰ مَا يَقُولُونَ وَسَبِّحْ بِحَمْدِ رَبِّكَ قَبْلَ
طُلُوعِ الشَّمْسِ وَقَبْلَ الْغُرُوبِ ﴿٤٠﴾
وَمِنَ اللَّيْلِ فَسَبِّحْهُ وَأَدْبَٰرَ السُّجُودِ ﴿٤١﴾
وَاسْتَمِعْ يَوْمَ يُنَادِ الْمُنَادِ مِن مَّكَانٍ قَرِيبٍ ﴿٤٢﴾

laŭdegu la gloron de via Sinjoro antaŭ la sunleviĝo kaj antaŭ la sunsubiro.

41. Ankaŭ en parto de la nokto laŭdegu Lin kaj post la deviga preĝo.

42. Aŭskultu! La tago, en kiu la vokanto vokos el proksima loko,

43. la tago, kiam ili aŭdos la sonon de la trumpeto en la vero, tiu estos la tago de la releviĝo.

44. Vere Ni igas vivi kaj morti kaj al Ni estos la hejmiro.

45. En la tago, en kiu fendiĝos la tero por ilin rapide elĵeti – tiu estos kunveno facila por Ni.

46. Ni bone scias, kion ili parolas, kaj vi ne estis sendita al ili por perforte devigi, do admonu per la Korano tiun, kiu timas Mian minacon.

يَوْمَ يَسْمَعُونَ الصَّيْحَةَ بِالْحَقِّ ذَٰلِكَ يَوْمُ الْخُرُوجِ ﴿٤٣﴾
إِنَّا نَحْنُ نُحْيِي وَنُمِيتُ وَإِلَيْنَا الْمَصِيرُ ﴿٤٤﴾
يَوْمَ تَشَقَّقُ الْأَرْضُ عَنْهُمْ سِرَاعًا ذَٰلِكَ حَشْرٌ عَلَيْنَا
يَسِيرٌ ﴿٤٥﴾
نَحْنُ أَعْلَمُ بِمَا يَقُولُونَ وَمَا أَنْتَ عَلَيْهِمْ بِجَبَّارٍ
فَذَكِّرْ بِالْقُرْآنِ مَنْ يَخَافُ وَعِيدِ ﴿٤٦﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ۝١

2. Per la ventoj, kiuj dissemas ĉien,

وَالذّٰرِيٰتِ ذَرْوًا ۝٢

3. kiuj portas ŝarĝon de pluvo

فَالْحٰمِلٰتِ وِقْرًا ۝٣

4. kaj rapidas for

فَالْجٰرِيٰتِ يُسْرًا ۝٤

5. kaj obeas la ordonon!

فَالْمُقَسِّمٰتِ اَمْرًا ۝٥

6. Vere tio, kio estis promesita, estas vera,

اِنَّمَا تُوْعَدُوْنَ لَصَادِقٌ ۝٦

7. kaj la lasta Juĝo certe venos.

وَّاِنَّ الدِّيْنَ لَوَاقِعٌ ۝٧

8. Per la ĉielo plena de vojoj!

وَالسَّمَآءِ ذَاتِ الْحُبُكِ ۝٨

9. Vere vi malkonsentas en viaj paroloj.

اِنَّكُمْ لَفِيْ قَوْلٍ مُّخْتَلِفٍ ۝٩

10. Estos devojigita nur tiu, kiu estis devojigenda.

يُّؤْفَكُ عَنْهُ مَنْ اُفِكَ ۝١٠

11. Pereu la mensoguloj!

قُتِلَ الْخَرّٰصُوْنَ ۝١١

12. Tiuj, kiuj ignoras la veron en profunda nescio.

الَّذِيْنَ هُمْ فِيْ غَمْرَةٍ سَاهُوْنَ ۝١٢

13. Ili demandas: "Kiam estos la Tago de la lasta Juĝo? ".

يَسْـَٔلُوْنَ اَيَّانَ يَوْمُ الدِّيْنِ ۝١٣

14. Estos la tago, en kiu ili estos turmentegataj per la fajro.

يَوْمَ هُمْ عَلَى النَّارِ يُفْتَنُوْنَ ۝١٤

15. "Gustumu vian turmenton. Ĝi estas tio, kion vi volis akceli".

ذُوْقُوْا فِتْنَتَكُمْ هٰذَا الَّذِيْ كُنْتُمْ بِهٖ تَسْتَعْجِلُوْنَ ۝١٥

اِنَّ الْمُتَّقِيْنَ فِيْ جَنّٰتٍ وَّعُيُوْنٍ ۝١٦

16. Vere la justuloj estos en ĝardenoj kaj ĉe fontoj,

17. ricevante tion, kion donos al ili ilia Sinjoro, ĉar ili antaŭe estis bonfarantoj.

18. Ili dormis nur malgrandan parton de la nokto

19. kaj je la tagiĝo ili petis pardonon;

20. el iliaj propraĵoj ĉiam estis parto destinita por la almozuloj kaj por la malhelpitoj.

21. Sur la tero estas signo por la firme kredantaj,

22. kaj ankaŭ en vi mem. Ĉu vi do ne volas vidi?

23. En la ĉielo estas via provizaĵo kaj tio, kio estas promesita.

24. Tial, per la Sinjoro de la ĉielo kaj de la tero, tio ĉi certe estas vera, tiel kiel estas vere, ke vi parolas.

25. Ĉu ne atingis vin la rakonto de la noblaj gastoj de Abraham?

26. Kiam ili eniris en lian domon kaj diris: "Pacon! ", li respondis: "Pacon! ". Ili estis fremduloj.

27. Li iris silente al sia familio kaj alportis grasan bovidon

28. kaj metis ĝin antaŭ ilin. Li diris: "Ĉu vi ne volas manĝi? ".

29. Li tiam ektimis ilin, kaj ili diris: "Ne timu", kaj donis al li la bonan novaĵon pri saĝa filo.

30. Tiam venis lia edzino embarasita, ŝi frapis sian vizaĝon kaj diris: "Mi estas nefekunda maljunulino! ".

آخِذِينَ مَا آتَاهُمْ رَبُّهُمْ إِنَّهُمْ كَانُوا قَبْلَ
ذَٰلِكَ مُحْسِنِينَ ﴿١٧﴾
كَانُوا قَلِيلًا مِّنَ اللَّيْلِ مَا يَهْجَعُونَ ﴿١٨﴾
وَبِالْأَسْحَارِ هُمْ يَسْتَغْفِرُونَ ﴿١٩﴾
وَفِي أَمْوَالِهِمْ حَقٌّ لِّلسَّائِلِ وَالْمَحْرُومِ ﴿٢٠﴾
وَفِي الْأَرْضِ آيَاتٌ لِّلْمُوقِنِينَ ﴿٢١﴾
وَفِي أَنفُسِكُمْ أَفَلَا تُبْصِرُونَ ﴿٢٢﴾
وَفِي السَّمَاءِ رِزْقُكُمْ وَمَا تُوعَدُونَ ﴿٢٣﴾
فَوَرَبِّ السَّمَاءِ وَالْأَرْضِ إِنَّهُ لَحَقٌّ مِّثْلَ مَا أَنَّكُمْ
تَنطِقُونَ ﴿٢٤﴾ ع

هَلْ أَتَاكَ حَدِيثُ ضَيْفِ إِبْرَاهِيمَ الْمُكْرَمِينَ ﴿٢٥﴾
إِذْ دَخَلُوا عَلَيْهِ فَقَالُوا سَلَامًا قَالَ سَلَامٌ قَوْمٌ
مُّنكَرُونَ ﴿٢٦﴾
فَرَاغَ إِلَىٰ أَهْلِهِ فَجَاءَ بِعِجْلٍ سَمِينٍ ﴿٢٧﴾
فَقَرَّبَهُ إِلَيْهِمْ قَالَ أَلَا تَأْكُلُونَ ﴿٢٨﴾
فَأَوْجَسَ مِنْهُمْ خِيفَةً قَالُوا لَا تَخَفْ وَبَشَّرُوهُ
بِغُلَامٍ عَلِيمٍ ﴿٢٩﴾
فَأَقْبَلَتِ امْرَأَتُهُ فِي صَرَّةٍ فَصَكَّتْ وَجْهَهَا وَ

31. Ili diris: "Tiel estas, sed via Sinjoro parolis, vere Li estas la Saĝa, la Ĉioscia".

قَالَتْ عَجُوزٌ عَقِيمٌ ۝٣٠

قَالُوا كَذَٰلِكِ ۙ قَالَ رَبُّكِ ۖ إِنَّهُ هُوَ الْحَكِيمُ
الْعَلِيمُ ۝٣١

* Fino de la 26-a parto

32. Li demandis: "Kia do estas via komisio, ho senditoj? ".

قَالَ فَمَا خَطْبُكُمْ أَيُّهَا الْمُرْسَلُونَ ۝٣٢

33. Ili respondis: "Ni vere estas senditaj al popolo pekema,

قَالُوا إِنَّا أُرْسِلْنَا إِلَىٰ قَوْمٍ مُّجْرِمِينَ ۝٣٣

34. por faligi sur ilin ŝtonojn el argilo

لِنُرْسِلَ عَلَيْهِمْ حِجَارَةً مِّن طِينٍ ۝٣٤

35. distingitajn per signo de via Sinjoro por la ekscesantoj".

مُّسَوَّمَةً عِندَ رَبِّكَ لِلْمُسْرِفِينَ ۝٣٥

36. Ni elirigis ĉiujn kredantojn, kiuj estis tie,

فَأَخْرَجْنَا مَن كَانَ فِيهَا مِنَ الْمُؤْمِنِينَ ۝٣٦

37. kaj Ni trovis tie nur unu domon de submetiĝintoj,

فَمَا وَجَدْنَا فِيهَا غَيْرَ بَيْتٍ مِّنَ الْمُسْلِمِينَ ۝٣٧

38. kaj Ni postlasis en ĝi signon por tiuj, kiuj timas la doloran punon;

وَتَرَكْنَا فِيهَا آيَةً لِّلَّذِينَ يَخَافُونَ الْعَذَابَ الْأَلِيمَ ۝٣٨

39. kaj ankaŭ en Moseo estis signo, ĉar Ni sendis lin al Faraono kun aŭtoritato evidenta.

وَفِي مُوسَىٰ إِذْ أَرْسَلْنَاهُ إِلَىٰ فِرْعَوْنَ بِسُلْطَانٍ
مُّبِينٍ ۝٣٩

فَتَوَلَّىٰ بِرُكْنِهِ وَقَالَ سَاحِرٌ أَوْ مَجْنُونٌ ۝٤٠

40. Tiu tamen turnis sin for pro sia povo kaj diris: "Sorĉisto aŭ frenezulo".

فَأَخَذْنَاهُ وَجُنُودَهُ فَنَبَذْنَاهُمْ فِي الْيَمِّ وَهُوَ
مُلِيمٌ ۝٤١

41. Ni ekkaptis lin kaj liajn trupojn kaj ĵetis lin en la maron, ĉar li estis mallaŭdinda.

وَفِي عَادٍ إِذْ أَرْسَلْنَا عَلَيْهِمُ الرِّيحَ الْعَقِيمَ ۝٤٢

42. Signo estis ankaŭ en la Aadanoj, kiam Ni sendis kontraŭ ilin detruan venton.

مَا تَذَرُ مِن شَيْءٍ أَتَتْ عَلَيْهِ إِلَّا جَعَلَتْهُ كَالرَّمِيمِ ۝٤٣

43. Ĉion, kion ĝi trafis, ĝi postlasis nur, kiam ĝi faris ĝin kvazaŭ cindro.

وَفِي ثَمُودَ إِذْ قِيلَ لَهُمْ تَمَتَّعُوا حَتَّىٰ حِينٍ ۝٤٤

44. Ankaŭ en la Tamudoj estis signo, kiam estis dirite al ili: "Ĝuu la vivon por iom da tempo".

فَعَتَوْا عَنْ أَمْرِ رَبِّهِمْ فَأَخَذَتْهُمُ الصَّاعِقَةُ وَهُمْ
يَنظُرُونَ ۝٤٥

45. Ili tamen malŝatis la ordonon de sia Sinjoro, tial trafis ilin la fulmotondro, ĝuste kiam ili rigardis.

فَمَا اسْتَطَاعُوا مِن قِيَامٍ وَمَا كَانُوا مُنتَصِرِينَ ۝٤٦

وَقَوْمَ نُوحٍ مِّن قَبْلُ ۖ إِنَّهُمْ كَانُوا قَوْمًا فَاسِقِينَ ۝٤٧

46. Ili tiam ne kapablis stariĝi denove kaj por ili ne estis helpantoj.

47. Antaŭe Ni neniigis la popolon de Noa. Ili vere estis popolo malpiega.

48. Ni konstruis la ĉielon per Niaj manoj kaj Ni vere posedas vastan forton;

49. kaj la teron Ni etendis; kiel bele Ni etendis ĝin!

50. De ĉiu aĵo Ni kreis parojn, por ke vi pripensu;

51. serĉu do rifuĝon ĉe Allah; mi estas por vi klariga admonanto de Li.

52. Ne aldonu alian Dion al Allah; mi estas por vi klariga admonanto de Li.

53. Tiel ankaŭ antaŭe diris tiuj, al kiuj venis iu sendito: "Sorĉisto aŭ frenezulo".

54. Ĉu ili eble heredigis tion unu al la alia? Ne! Ili ĉiuj estas kontraŭstarema popolo.

55. Turnu vin do for de ili (Profeto! ): pro tio vin ne trafos riproĉo.

56. Kaj daŭrigu vian admonadon, ĉar certe la admonado utilas al la kredantoj.

57. Ni kreis la Ĝinnojn kaj la homojn, nur por ke ili adoru Min.

58. Mi ne volas de ili provizaĵon kaj Mi ne volas de ili nutraĵon.

59. Vere Allah estas la Provizanto, la Posedanto de la povo, la Fortega.

60. Vere por la malpieguloj estos sorto simila al tiu de iliaj kunuloj, do ili ne petu, ke ĝi estu akcelata.

61. Ve al la miskredantoj pro ilia tago, pri kiu estis minacite al ili!

وَالسَّمَاءَ بَنَيْنَاهَا بِأَيْدٍ وَإِنَّا لَمُوسِعُونَ ﴿٤٧﴾
وَالْأَرْضَ فَرَشْنَاهَا فَنِعْمَ الْمَاهِدُونَ ﴿٤٨﴾
وَمِن كُلِّ شَيْءٍ خَلَقْنَا زَوْجَيْنِ لَعَلَّكُمْ تَذَكَّرُونَ ﴿٤٩﴾
فَفِرُّوا إِلَى اللَّهِ إِنِّي لَكُم مِّنْهُ نَذِيرٌ مُّبِينٌ ﴿٥٠﴾
وَلَا تَجْعَلُوا مَعَ اللَّهِ إِلَٰهًا آخَرَ إِنِّي لَكُم مِّنْهُ نَذِيرٌ
مُّبِينٌ ﴿٥١﴾
كَذَٰلِكَ مَا أَتَى الَّذِينَ مِن قَبْلِهِم مِّن رَّسُولٍ إِلَّا
قَالُوا سَاحِرٌ أَوْ مَجْنُونٌ ﴿٥٢﴾
أَتَوَاصَوْا بِهِ بَلْ هُمْ قَوْمٌ طَاغُونَ ﴿٥٣﴾
فَتَوَلَّ عَنْهُمْ فَمَا أَنتَ بِمَلُومٍ ﴿٥٤﴾
وَذَكِّرْ فَإِنَّ الذِّكْرَىٰ تَنفَعُ الْمُؤْمِنِينَ ﴿٥٥﴾
وَمَا خَلَقْتُ الْجِنَّ وَالْإِنسَ إِلَّا لِيَعْبُدُونِ ﴿٥٦﴾
مَا أُرِيدُ مِنْهُم مِّن رِّزْقٍ وَمَا أُرِيدُ أَن يُطْعِمُونِ ﴿٥٧﴾
إِنَّ اللَّهَ هُوَ الرَّزَّاقُ ذُو الْقُوَّةِ الْمَتِينُ ﴿٥٨﴾
فَإِنَّ لِلَّذِينَ ظَلَمُوا ذَنُوبًا مِّثْلَ ذَنُوبِ أَصْحَابِهِمْ
فَلَا يَسْتَعْجِلُونِ ﴿٥٩﴾
فَوَيْلٌ لِّلَّذِينَ كَفَرُوا مِن يَوْمِهِمُ الَّذِي يُوعَدُونَ ﴿٦٠﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

2. Per la monto!
وَالطُّوْرِ (٢)

3. Per Libro skribita
وَكِتٰبٍ مَّسْطُوْرٍ (٣)

4. sur elvolvita pergameno!
فِيْ رَقٍّ مَّنْشُوْرٍ (٤)

5. Per la Domo ofte vizitata
وَّالْبَيْتِ الْمَعْمُوْرِ (٥)

6. kaj per ĝia alta tegmento!
وَالسَّقْفِ الْمَرْفُوْعِ (٦)

7. Per la ŝvelinta maro!
وَالْبَحْرِ الْمَسْجُوْرِ (٧)

8. Certe la puno de via Sinjoro alvenos,
اِنَّ عَذَابَ رَبِّكَ لَوَاقِعٌ (٨)

9. ne ekzistas iu ajn, kiu povus malhelpi ĝin!
مَّا لَهٗ مِنْ دَافِعٍ (٩)

10. En la tago, en kiu la ĉielo treege skuiĝos
يَّوْمَ تَمُوْرُ السَّمَآءُ مَوْرًا (١٠)

11. kaj la montoj moviĝos rapide,
وَّتَسِيْرُ الْجِبَالُ سَيْرًا (١١)

12. ve en tiu tago al tiuj, kiuj rifuzis la veron
فَوَيْلٌ يَّوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِيْنَ (١٢)

13. kaj amuziĝis per vanaj paroladoj!
الَّذِيْنَ هُمْ فِيْ خَوْضٍ يَّلْعَبُوْنَ (١٣)

14. En la tago, en kiu ili estos puŝitaj perforte en la fajron de l' Infero:
يَوْمَ يُدَعُّوْنَ اِلٰى نَارِ جَهَنَّمَ دَعًّا (١٤)

15. "Ĉi tiu estas la fajro, kiun vi kutimis negi.
هٰذِهِ النَّارُ الَّتِيْ كُنْتُمْ بِهَا تُكَذِّبُوْنَ (١٥)

16. Ĉu ĉi tio estas magio aŭ ĉu vi vere ne vidas?
اَفَسِحْرٌ هٰذَآ اَمْ اَنْتُمْ لَا تُبْصِرُوْنَ (١٦)

17. Brulu en ĝi: ĉu vi nun estos paciencaj, ĉu malpaciencaj, estas egale, vi estos rekompencitaj nur pro tio, kion vi faris".
اِصْلَوْهَا فَاصْبِرُوْٓا اَوْ لَا تَصْبِرُوْا سَوَآءٌ عَلَيْكُمْ
اِنَّمَا تُجْزَوْنَ مَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ (١٧)

18. Vere la justuloj estos en la Paradizo kaj en feliĉo,
اِنَّ الْمُتَّقِيْنَ فِيْ جَنّٰتٍ وَّنَعِيْمٍ (١٨)

19. ĝuante tion, kion ilia Sinjoro donis al ili, kaj ilia Sinjoro savos ilin de la puno de l' fajro.

20. "Manĝu kaj trinku kun plezuro pro tio, kion vi faris".

21. Ili kuŝos sur ordigitaj kusenoj kaj Ni edzigos ilin al grandokulaj fraŭlinoj.

22. La kredantojn, kiujn iliaj idoj sekvos je la kredo, Ni unuigos kun iliaj idoj, kaj Ni neniel malpliigos iliajn farojn. Ĉiu homo estos garantiaĵo por tio, kion li meritis.

23. Ni krome provizos ilin per ĉiuj fruktoj kaj viando, kiujn ili deziras.

24. Tie ili transdonos unu al la alia kalikon, en kiu estas nek vanteco nek peko.

25. Inter ili ĉirkaŭiros junuloj zorgantaj pri ili, kiel bone gardataj perloj.

26. Ili turnos sin unu al la alia, demandante reciproke;

27. ili diros: "Antaŭe ni vere estis en zorgo pri niaj familioj,

28. Allah tamen kompatis al ni kaj savis nin de la turmento de la varmega vento.*

29. Ni vere kutimis antaŭe preĝi al Li. Li vere estas la Bonega, la Pardonema".

30. Do admonu: vi vere per la graco de via Sinjoro estas nek divenisto nek frenezulo.

31. Ĉu ili diras: "Li estas poeto, ni volas atendi, ke lin trafu iu malfeliĉo"?

32. Diru: "Atendu do! Mi estas kun vi unu el la atendantoj".

فَاكِهِيْنَ بِمَآ اٰتٰىهُمْ رَبُّهُمْ وَوَقٰىهُمْ رَبُّهُمْ
عَذَابَ الْجَحِيْمِ ﴿١٩﴾
كُلُوْا وَاشْرَبُوْا هَنِيْٓـًٔا بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿٢٠﴾
مُتَّكِـِٕيْنَ عَلٰى سُرُرٍ مَّصْفُوْفَةٍ ۚ وَزَوَّجْنٰهُمْ بِحُوْرٍ
عِيْنٍ ﴿٢١﴾
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَاتَّبَعَتْهُمْ ذُرِّيَّتُهُمْ بِاِيْمَانٍ
اَلْحَقْنَا بِهِمْ ذُرِّيَّتَهُمْ وَمَآ اَلَتْنٰهُمْ مِّنْ عَمَلِهِمْ
مِّنْ شَيْءٍ ۚ كُلُّ امْرِئٍۢ بِمَا كَسَبَ رَهِيْنٌ ﴿٢٢﴾
وَاَمْدَدْنٰهُمْ بِفَاكِهَةٍ وَّلَحْمٍ مِّمَّا يَشْتَهُوْنَ ﴿٢٣﴾
يَتَنَازَعُوْنَ فِيْهَا كَاْسًا لَّا لَغْوٌ فِيْهَا وَلَا تَاْثِيْمٌ ﴿٢٤﴾
وَيَطُوْفُ عَلَيْهِمْ غِلْمَانٌ لَّهُمْ كَاَنَّهُمْ لُؤْلُؤٌ
مَّكْنُوْنٌ ﴿٢٥﴾
وَاَقْبَلَ بَعْضُهُمْ عَلٰى بَعْضٍ يَّتَسَآءَلُوْنَ ﴿٢٦﴾
قَالُوْٓا اِنَّا كُنَّا قَبْلُ فِيْٓ اَهْلِنَا مُشْفِقِيْنَ ﴿٢٧﴾
فَمَنَّ اللّٰهُ عَلَيْنَا وَوَقٰنَا عَذَابَ السَّمُوْمِ ﴿٢٨﴾
ع اِنَّا كُنَّا مِنْ قَبْلُ نَدْعُوْهُ ۖ اِنَّهٗ هُوَ الْبَرُّ الرَّحِيْمُ ﴿٢٩﴾
فَذَكِّرْ فَمَآ اَنْتَ بِنِعْمَتِ رَبِّكَ بِكَاهِنٍ وَّلَا مَجْنُوْنٍ ﴿٣٠﴾
اَمْ يَقُوْلُوْنَ شَاعِرٌ نَّتَرَبَّصُ بِهٖ رَيْبَ الْمَنُوْنِ ﴿٣١﴾
قُلْ تَرَبَّصُوْا فَاِنِّيْ مَعَكُمْ مِّنَ الْمُتَرَبِّصِيْنَ ﴿٣٢﴾
اَمْ تَاْمُرُهُمْ اَحْلَامُهُمْ بِهٰذَآ اَمْ هُمْ قَوْمٌ
طَاغُوْنَ ﴿٣٣﴾
اَمْ يَقُوْلُوْنَ تَقَوَّلَهٗ ۚ بَلْ لَّا يُؤْمِنُوْنَ ﴿٣٤﴾

* Arabe: Samūm

33. Ĉu tion ordonas al ili ilia prudento, aŭ ĉu ili estas ribelema popolo?

34. Ĉu ili diras: ”Li elpensis tion”? Ne! Ili ne volas kredi.

35. Ili do alportu rakonton similan al tiu ĉi, se ili estas sinceraj!

36. Ĉu ili estis kreitaj el nenio, aŭ ĉu ili mem estas la kreintoj?

37. Ĉu ili kreis la ĉielojn kaj la teron? Ne! Ili nenion firme kredas.

38. Ĉu estas apud ili la trezoroj de via Sinjoro, aŭ ĉu ili mem estas la gardantoj?

39. Ĉu ili posedas ŝtupetaron, sur kiu ili povas aŭskulti? Tiukaze do alportu al ili la aŭskultanto pruvon evidentan!

40. Ĉu Li havas filinojn kaj vi havas filojn?

41. Ĉu vi volas rekompencon de ili, tiel ke ili nun estas ŝarĝitaj per ŝarĝo de ŝuldoj?

42. Ĉu ili posedas la Nevideblaĵon, tiel ke ili povas skribi ĝin?

43. Ĉu ili intencas militruzon? Tamen la miskredantoj estas tiuj, kontraŭ kiuj estos la militruzo.

44. Ĉu ili havas alian Dion ol Allahon? Sankta estas Allah! For de Li tion, kion ili aldonas al Li kiel rivalon!

45. Se ili vidus pecon de ĉielo fali, ili dirus: ”Tio ĉi estas nur amasigitaj nuboj”.

46. Lasu ilin do, ĝis ili renkontos sian tagon, tiun, en kiu ili svenos,

47. la tagon, en kiu neniom utilos al ili iliaj ruzoj kaj por ili ne estos helpo.

48. Vere por la malpieguloj estos ankaŭ alia

فَلْيَأْتُوا بِحَدِيثٍ مِّثْلِهِ إِن كَانُوا صَادِقِينَ ٣٥

أَمْ خُلِقُوا مِنْ غَيْرِ شَيْءٍ أَمْ هُمُ الْخَالِقُونَ ٣٦

أَمْ خَلَقُوا السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ بَل لَّا يُوقِنُونَ ٣٧

أَمْ عِندَهُمْ خَزَائِنُ رَبِّكَ أَمْ هُمُ الْمُصَيْطِرُونَ ٣٨

أَمْ لَهُمْ سُلَّمٌ يَسْتَمِعُونَ فِيهِ فَلْيَأْتِ مُسْتَمِعُهُم
بِسُلْطَانٍ مُّبِينٍ ٣٩

أَمْ لَهُ الْبَنَاتُ وَلَكُمُ الْبَنُونَ ٤٠

أَمْ تَسْأَلُهُمْ أَجْرًا فَهُم مِّن مَّغْرَمٍ مُّثْقَلُونَ ٤١

أَمْ عِندَهُمُ الْغَيْبُ فَهُمْ يَكْتُبُونَ ٤٢

أَمْ يُرِيدُونَ كَيْدًا فَالَّذِينَ كَفَرُوا هُمُ الْمَكِيدُونَ ٤٣

أَمْ لَهُمْ إِلَٰهٌ غَيْرُ اللَّهِ سُبْحَانَ اللَّهِ عَمَّا يُشْرِكُونَ ٤٤

وَإِن يَرَوْا كِسْفًا مِّنَ السَّمَاءِ سَاقِطًا يَقُولُوا سَحَابٌ
مَّرْكُومٌ ٤٥

فَذَرْهُمْ حَتَّىٰ يُلَاقُوا يَوْمَهُمُ الَّذِي فِيهِ يُصْعَقُونَ ٤٦

يَوْمَ لَا يُغْنِي عَنْهُمْ كَيْدُهُمْ شَيْئًا وَلَا هُمْ يُنصَرُونَ ٤٧

puno krom tiu ĉi, sed la plej multaj el ili ne scias tion.

وَإِنَّ لِلَّذِينَ ظَلَمُوا عَذَابًا دُونَ ذَٰلِكَ وَلَٰكِنَّ أَكْثَرَهُمْ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٤٧﴾

49. Vi tamen atendu pacience la juĝon de via Sinjoro, ĉar vi estas antaŭ Niaj okuloj; kaj laŭdegu la gloron de via Sinjoro, kiam vi ekstaras.

وَاصْبِرْ لِحُكْمِ رَبِّكَ فَإِنَّكَ بِأَعْيُنِنَا وَسَبِّحْ بِحَمْدِ رَبِّكَ حِينَ تَقُومُ ﴿٤٨﴾

50. Ankaŭ en parto de la nokto laŭdegu Lin, kaj kiam la steloj paliĝas.

وَمِنَ اللَّيْلِ فَسَبِّحْهُ وَإِدْبَارَ النُّجُومِ ﴿٤٩﴾ ع

## Ĉapitro 53 **An-Nağm** (La stelo) 27-a parto



*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Per la stelo, kiam ĝi subiras!

وَالنَّجْمِ إِذَا هَوَىٰ ﴿٢﴾

3. Via samtribano nek eraras nek estas trompita

مَا ضَلَّ صَاحِبُكُمْ وَمَا غَوَىٰ ﴿٣﴾

4. nek parolas propravole.

وَمَا يَنْطِقُ عَنِ الْهَوَىٰ ﴿٤﴾

5. Ĝi estas nur revelacio, kiu estis revelaciita;

إِنْ هُوَ إِلَّا وَحْيٌ يُوحَىٰ ﴿٥﴾

6. lin instruis Tiu, kiu havas grandan povon,

عَلَّمَهُ شَدِيدُ الْقُوَىٰ ﴿٦﴾

7. kiu posedas la povon. Li nun sidas sur la Trono,

ذُو مِرَّةٍ فَاسْتَوَىٰ ﴿٧﴾

8. Li estas en la plej alta horizonto.

وَهُوَ بِالْأُفُقِ الْأَعْلَىٰ ﴿٨﴾

9. Poste li alproksimiĝis al Dio kaj Tiu ĉi malsupreniris al li,

ثُمَّ دَنَا فَتَدَلَّىٰ ﴿٩﴾

10. tiel ke li* fariĝis kvazaŭ ŝnuro de du arkoj aŭ eĉ pli proksima,

فَكَانَ قَابَ قَوْسَيْنِ أَوْ أَدْنَىٰ ﴿١٠﴾

فَأَوْحَىٰ إِلَىٰ عَبْدِهِ مَا أَوْحَىٰ ﴿١١﴾

* La Profeto. Tiu ĉi netradukebla frazo signifas intiman proksimecon de Allah kaj la Profeto. Verŝajne oni aludas al antikva kutimo de la Araboj por konkludi amikecon, per pafo de unu sago pere de du arkoj, kiujn oni tenis en unu mano.

11. kaj Li revelaciis al Sia servanto, kion Li revelaciis.

12. La koro de la Profeto ne estas malfidela al tio, kion li vidis.

13. Ĉu vi do volas disputi pri tio, kion li vidis?

14. Li vere vidis ĝin malsupreniri ankaŭ alifoje,

15. apud la plej malproksima lotusarbo,

16. apud la ĝardeno de la ĉiama loĝejo;

17. kiam kovris la lotusarbon, kio ĝin kovris,

18. la rigardo nek hezitis nek deturniĝis.

19. Vere li vidis la plej grandan signon de sia Sinjoro.

20. Vi male: ĉu vi vidis Laton kaj Uzzaon

21. kaj Manaton,* la trian, la alian idolon?

22. Kiel? Ĉu vi havas la knabojn kaj Li la knabinojn?

23. Tiu vere estus maljusta divido.

24. Ili estas nur nomoj, kiujn vi elpensis – vi kaj viaj patroj –, por kiuj Allah ne sendis iun ajn aŭtoritaton. Ili sekvas nur sian supozon kaj sian deziron, kvankam jam venis al ili la gvidilo de ilia Sinjoro.

25. Ĉu la homo povas havigi al si tion, kion li volas?

26. Al Allah apartenas la venonta kaj la ĉi tiea vivo.

27. Ekzistas en la ĉieloj iu anĝelo, kies propeto neniom utilos, krom post kiam Allah

مَا كَذَبَ الْفُؤَادُ مَا رَاٰى ﴿١٢﴾

اَفَتُمٰرُوْنَهٗ عَلٰى مَا يَرٰى ﴿١٣﴾

وَلَقَدْ رَاٰهُ نَزْلَةً اُخْرٰى ﴿١٤﴾

عِنْدَ سِدْرَةِ الْمُنْتَهٰى ﴿١٥﴾

عِنْدَهَا جَنَّةُ الْمَاْوٰى ﴿١٦﴾

اِذْ يَغْشَى السِّدْرَةَ مَا يَغْشٰى ﴿١٧﴾

مَا زَاغَ الْبَصَرُ وَمَا طَغٰى ﴿١٨﴾

لَقَدْ رَاٰى مِنْ اٰيٰتِ رَبِّهِ الْكُبْرٰى ﴿١٩﴾

اَفَرَءَيْتُمُ اللّٰتَ وَالْعُزّٰى ﴿٢٠﴾

وَمَنٰوةَ الثَّالِثَةَ الْاُخْرٰى ﴿٢١﴾

اَلَكُمُ الذَّكَرُ وَلَهُ الْاُنْثٰى ﴿٢٢﴾

تِلْكَ اِذًا قِسْمَةٌ ضِيْزٰى ﴿٢٣﴾

اِنْ هِىَ اِلَّا اَسْمَآءٌ سَمَّيْتُمُوْهَا اَنْتُمْ وَاٰبَآؤُكُمْ
مَّا اَنْزَلَ اللّٰهُ بِهَا مِنْ سُلْطٰنٍ اِنْ يَّتَّبِعُوْنَ اِلَّا
الظَّنَّ وَمَا تَهْوَى الْاَنْفُسُ وَلَقَدْ جَآءَهُمْ مِّنْ
رَّبِّهِمُ الْهُدٰى ﴿٢٤﴾

اَمْ لِلْاِنْسَانِ مَا تَمَنّٰى ﴿٢٥﴾

فَلِلّٰهِ الْاٰخِرَةُ وَالْاُوْلٰى ﴿٢٦﴾ ع

* Diinoj de la antaŭislama epoko

donis la permeson, por kiu Li volas kaj por kiu al Li plaĉas.

28. Vere tiuj, kiuj ne kredas al la vivo venonta, nomas la anĝelojn per virinaj nomoj,

29. sed ili ne havas iun ajn scion pri tio, ili sekvas nur sian supozon, sed ilia supozo neniom utilos al ili kontraŭ la vero.

30. Tial turnu vin for de tiu, kiu turnas sian dorson al Nia admono, kaj strebas nur al la vivo de ĉi tiu mondo.

31. Tio estas la maksimumo de ilia scio. Vere via Sinjoro estas Tiu, kiu bone konas tiun, kiu devojiĝas de Lia afero, kaj Li konas tiun, kiu estas sur la rekta vojo.

32. Al Allah apartenas, kio estas en la ĉieloj, kaj kio estas sur la tero, por ke Li repagu tiujn, kiuj malbonfaras, pro tio, kion ili faris, kaj rekompencu tiujn, kiuj bonfaras, per la plej bela rekompenco.

33. Tiuj, kiuj evitas la plej abomenindajn pekojn kaj hontindaĵojn kaj faras nur malgravajn pekojn, sciu: vere la pardonemo de via Sinjoro estas vasta. Li bone konas vin ekde la tempo, kiam Li elirigis vin de la tero, kaj ekde kiam vi estis ĝermoj en la uteroj de viaj patrinoj. Tial ne proklamu vin mem puraj. Li bone scias, kiu evitas la malbonon.

34. Ĉu vi vidas tiun, kiu turnas sin for

35. kaj donas malmulton kaj estas avara?

36. Ĉu li havas scion pri la Nevideblaĵo, tiel ke li povas vidi ĝin?

37. Ĉu male ne estis dirite al li tio, kio troviĝas en la leĝaro de Moseo

38. kaj de Abraham, kiu plenumis sian devon?

وَكَمْ مِّنْ مَّلَكٍ فِي السَّمٰوٰتِ لَا تُغْنِيْ شَفَاعَتُهُمْ شَيْـًٔا اِلَّا مِنْۢ بَعْدِ اَنْ يَّاْذَنَ اللّٰهُ لِمَنْ يَّشَآءُ وَيَرْضٰى ﴿٢٦﴾

اِنَّ الَّذِيْنَ لَا يُؤْمِنُوْنَ بِالْاٰخِرَةِ لَيُسَمُّوْنَ الْمَلٰٓئِكَةَ تَسْمِيَةَ الْاُنْثٰى ﴿٢٧﴾

وَمَا لَهُمْ بِهٖ مِنْ عِلْمٍ اِنْ يَّتَّبِعُوْنَ اِلَّا الظَّنَّ وَاِنَّ الظَّنَّ لَا يُغْنِيْ مِنَ الْحَقِّ شَيْـًٔا ﴿٢٨﴾

فَاَعْرِضْ عَنْ مَّنْ تَوَلّٰى عَنْ ذِكْرِنَا وَلَمْ يُرِدْ اِلَّا الْحَيٰوةَ الدُّنْيَا ﴿٢٩﴾

ذٰلِكَ مَبْلَغُهُمْ مِّنَ الْعِلْمِ اِنَّ رَبَّكَ هُوَ اَعْلَمُ بِمَنْ ضَلَّ عَنْ سَبِيْلِهٖ وَهُوَ اَعْلَمُ بِمَنِ اهْتَدٰى ﴿٣٠﴾

وَلِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ لِيَجْزِيَ الَّذِيْنَ اَسَآءُوْا بِمَا عَمِلُوْا وَيَجْزِيَ الَّذِيْنَ اَحْسَنُوْا بِالْحُسْنٰى ﴿٣١﴾

اَلَّذِيْنَ يَجْتَنِبُوْنَ كَبٰٓئِرَ الْاِثْمِ وَالْفَوَاحِشَ اِلَّا اللَّمَمَ اِنَّ رَبَّكَ وَاسِعُ الْمَغْفِرَةِ هُوَ اَعْلَمُ بِكُمْ اِذْ اَنْشَاَكُمْ مِّنَ الْاَرْضِ وَاِذْ اَنْتُمْ اَجِنَّةٌ فِيْ بُطُوْنِ اُمَّهٰتِكُمْ فَلَا تُزَكُّوْٓا اَنْفُسَكُمْ هُوَ اَعْلَمُ بِمَنِ اتَّقٰى ﴿٣٢﴾

اَفَرَءَيْتَ الَّذِيْ تَوَلّٰى ﴿٣٣﴾

وَاَعْطٰى قَلِيْلًا وَّاَكْدٰى ﴿٣٤﴾

اَعِنْدَهٗ عِلْمُ الْغَيْبِ فَهُوَ يَرٰى ﴿٣٥﴾

39. Ke neniu animo jam ŝarĝita povas porti la ŝarĝon de la alia,

أَمْ لَمْ يُنَبَّأْ بِمَا فِي صُحُفِ مُوسَىٰ ﴿٣٦﴾

40. kaj ke al la homo nenio alia utilos ol lia propra strebado,

وَإِبْرَٰهِيمَ ٱلَّذِى وَفَّىٰٓ ﴿٣٧﴾

41. kaj ke lia strebado baldaŭ estos vidita,

أَلَّا تَزِرُ وَازِرَةٌ وِزْرَ أُخْرَىٰ ﴿٣٨﴾

42. – poste li estos rekompencita per abunda rekompenco –

وَأَن لَّيْسَ لِلْإِنسَٰنِ إِلَّا مَا سَعَىٰ ﴿٣٩﴾

43. kaj ke al via Sinjoro estos la fina reveno,

وَأَنَّ سَعْيَهُۥ سَوْفَ يُرَىٰ ﴿٤٠﴾

44. kaj ke estas Li Tiu, kiu igas ridi kaj plori,

ثُمَّ يُجْزَىٰهُ ٱلْجَزَآءَ ٱلْأَوْفَىٰ ﴿٤١﴾

45. kaj ke estas Li Tiu, kiu igas morti kaj vivi,

وَأَنَّ إِلَىٰ رَبِّكَ ٱلْمُنتَهَىٰ ﴿٤٢﴾

46. kaj ke Li kreis ambaŭ seksojn, viran kaj virinan

وَأَنَّهُۥ هُوَ أَضْحَكَ وَأَبْكَىٰ ﴿٤٣﴾

47. el spermoguto kiu estis elverŝita,

وَأَنَّهُۥ هُوَ أَمَاتَ وَأَحْيَا ﴿٤٤﴾

48. kaj ke al Li apartenas la alia kreo,

وَأَنَّهُۥ خَلَقَ ٱلزَّوْجَيْنِ ٱلذَّكَرَ وَٱلْأُنثَىٰ ﴿٤٥﴾

49. kaj ke estas Li Tiu, kiu faras riĉa kaj malriĉa,

مِن نُّطْفَةٍ إِذَا تُمْنَىٰ ﴿٤٦﴾

50. kaj ke estas Li la Sinjoro de la stelo Sirio,

وَأَنَّ عَلَيْهِ ٱلنَّشْأَةَ ٱلْأُخْرَىٰ ﴿٤٧﴾

51. kaj ke Li neniigis la antaŭajn Aadanojn

وَأَنَّهُۥ هُوَ أَغْنَىٰ وَأَقْنَىٰ ﴿٤٨﴾

52. kaj Tamudon, kaj al neniu indulgis,

وَأَنَّهُۥ هُوَ رَبُّ ٱلشِّعْرَىٰ ﴿٤٩﴾

53. kaj antaŭe la popolon de Noa – vere ili estis malpieguloj kaj ribelantoj.

وَأَنَّهُۥٓ أَهْلَكَ عَادًا ٱلْأُولَىٰ ﴿٥٠﴾

54. Li detruis la pekemajn urbojn,

وَثَمُودَا۟ فَمَآ أَبْقَىٰ ﴿٥١﴾

55. tiel ke ilin kovris tio, kio ilin kovris.

وَقَوْمَ نُوحٍ مِّن قَبْلُ إِنَّهُمْ كَانُوا۟ هُمْ أَظْلَمَ وَأَطْغَىٰ ﴿٥٢﴾

56. Pri kiu el la bonfaroj de via Sinjoro vi do volas dubi?

وَٱلْمُؤْتَفِكَةَ أَهْوَىٰ ﴿٥٣﴾

فَغَشَّىٰهَا مَا غَشَّىٰ ﴿٥٤﴾

57. Ĉi tiu estas admonanto de la sama speco kiel la antaŭaj admonantoj.

فَبِأَىِّ ءَالَآءِ رَبِّكَ تَتَمَارَىٰ ﴿٥٥﴾

هَٰذَا نَذِيرٌ مِّنَ ٱلنُّذُرِ ٱلْأُولَىٰٓ ﴿٥٦﴾

58. Alproksimiĝas la Horo alproksimiĝanta,

أَزِفَتِ ٱلْءَازِفَةُ ﴿٥٧﴾

59. neniu alia ol Allah povas haltigi ĝin.

لَيْسَ لَهَا مِنْ دُوْنِ اللّٰهِ كَاشِفَةٌ ﴿٥٩﴾

60. Ĉu vi miras pro tiu ĉi anonco?

اَفَمِنْ هٰذَا الْحَدِيْثِ تَعْجَبُوْنَ ﴿٦٠﴾

61. Ĉu vi ridas kaj ne ploras?

وَتَضْحَكُوْنَ وَلَا تَبْكُوْنَ ﴿٦١﴾

62. Ĉu vi volas plu ignori?

وَاَنْتُمْ سٰمِدُوْنَ ﴿٦٢﴾

63. Terenkuŝiĝu prefere antaŭ Allah, kaj adoru!

فَاسْجُدُوْا لِلّٰهِ وَاعْبُدُوْا ﴿٦٣﴾ سجدة ع

## Ĉapitro 54 **Al-Kamar** (La luno) 27-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

2. Alproksimiĝas la Horo kaj la luno fendiĝis,

اِقْتَرَبَتِ السَّاعَةُ وَانْشَقَّ الْقَمَرُ ﴿٢﴾

3. kaj, se ili vidas signon, ili turnas sin for kaj diras: "Tio ĉi estas daŭra magio".

وَاِنْ يَّرَوْا اٰيَةً يُّعْرِضُوْا وَيَقُوْلُوْا سِحْرٌ مُّسْتَمِرٌّ ﴿٣﴾

4. Ili rifuzas la veron kaj sekvas siajn proprajn pasiojn, sed ĉiu afero estis jam dekretita certe.

وَكَذَّبُوْا وَاتَّبَعُوْٓا اَهْوَآءَهُمْ وَكُلُّ اَمْرٍ مُّسْتَقِرٌّ ﴿٤﴾

5. Vere venis al ili novaĵo, en kiu estas admono,

وَلَقَدْ جَآءَهُمْ مِّنَ الْاَنْۢبَآءِ مَا فِيْهِ مُزْدَجَرٌ ﴿٥﴾

6. perfekta saĝo; sed ili ne profitas de la admono,

حِكْمَةٌ ۢ بَالِغَةٌ فَمَا تُغْنِ النُّذُرُ ﴿٦﴾

7. do turnu vin for de ili. En la tago, en kiu la heroldo vokos ilin al la malagrablaĵo,

فَتَوَلَّ عَنْهُمْ يَوْمَ يَدْعُ الدَّاعِ اِلٰى شَيْءٍ نُّكُرٍ ﴿٧﴾

8. kun rigardoj mallevitaj, ili eliros el la tomboj, kvazaŭ disigitaj akridoj,

خُشَّعًا اَبْصَارُهُمْ يَخْرُجُوْنَ مِنَ الْاَجْدَاثِ كَاَنَّهُمْ جَرَادٌ مُّنْتَشِرٌ ﴿٨﴾

9. kurante al la heroldo. Diros la miskredantoj: "Tiu ĉi estas terura tago! ".

مُّهْطِعِيْنَ اِلَى الدَّاعِ يَقُوْلُ الْكٰفِرُوْنَ هٰذَا يَوْمٌ عَسِرٌ ﴿٩﴾

كَذَّبَتْ قَبْلَهُمْ قَوْمُ نُوْحٍ فَكَذَّبُوْا عَبْدَنَا وَقَالُوْا

10. Antaŭ ili jam rifuzis la popolo de Noa, ili ja rifuzis Nian servanton kaj diris: ”Frenezulo, forlasita! ”.

11. Li tiam preĝis al sia Sinjoro: ”Mi estas venkita, do helpu min”.

12. Ni do malfermis la pordojn de la ĉielo por la verŝota akvo,

13. kaj Ni elŝprucigis fontojn el la tero, tiel ke renkontiĝis la akvoj por dekretita celo,

14. kaj Ni portis lin sur ŝipon el tabuloj kaj najloj.

15. Ĝi naĝis sub Niaj okuloj, kiel konsolo, ĉar li estis forpuŝita.

16. Ni vere faris ĝin signo; ĉu tamen estas iu ajn, kiu akceptas Nian admonon?

17. Kia do estis Mia puno kaj Mia admono!

18. Vere Ni faris la Koranon facila por la admono; ĉu tamen estas iu, kiu akceptas la admonon?

19. La Aadanoj negis. Kia do estis Mia puno kaj Mia admono!

20. Ni vere sendis kontraŭ ilin detruan ventegon en tago de senfina malfeliĉo,

21. kiu fortrenis la homojn, kvazaŭ ili estus trunkoj de elradikigitaj palmoj.

22. Jen! Kia estis Mia puno kaj Mia admono!

23. Vere Ni faris la Koranon facila por la admono; ĉu tamen estas iu, kiu akceptas la admonon?

24. Ankaŭ la Tamudoj rifuzis la admonantojn,

مَجْنُوْنٌ وَّازْدُجِرَ (١٠)
فَدَعَا رَبَّهٗۤ اَنِّیْ مَغْلُوْبٌ فَانْتَصِرْ (١١)
فَفَتَحْنَاۤ اَبْوَابَ السَّمَآءِ بِمَآءٍ مُّنْهَمِرٍ (١٢)
وَّ فَجَّرْنَا الْاَرْضَ عُیُوْنًا فَالْتَقَى الْمَآءُ عَلٰۤى اَمْرٍ
قَدْ قُدِرَ (١٣)
وَحَمَلْنٰهُ عَلٰى ذَاتِ اَلْوَاحٍ وَّ دُسُرٍ (١٤)
تَجْرِیْ بِاَعْیُنِنَا جَزَآءً لِّمَنْ كَانَ كُفِرَ (١٥)
وَلَقَدْ تَّرَكْنٰهَاۤ اٰیَةً فَهَلْ مِنْ مُّدَّكِرٍ (١٦)
فَكَیْفَ كَانَ عَذَابِیْ وَنُذُرِ (١٧)
وَلَقَدْ یَسَّرْنَا الْقُرْاٰنَ لِلذِّكْرِ فَهَلْ مِنْ مُّدَّكِرٍ (١٨)
كَذَّبَتْ عَادٌ فَكَیْفَ كَانَ عَذَابِیْ وَنُذُرِ (١٩)
اِنَّاۤ اَرْسَلْنَا عَلَیْهِمْ رِیْحًا صَرْصَرًا فِیْ یَوْمِ نَحْسٍ
مُّسْتَمِرٍّ (٢٠)
تَنْزِعُ النَّاسَ كَاَنَّهُمْ اَعْجَازُ نَخْلٍ مُّنْقَعِرٍ (٢١)
فَكَیْفَ كَانَ عَذَابِیْ وَنُذُرِ (٢٢)
وَلَقَدْ یَسَّرْنَا الْقُرْاٰنَ لِلذِّكْرِ فَهَلْ مِنْ مُّدَّكِرٍ (٢٣) ع
كَذَّبَتْ ثَمُوْدُ بِالنُّذُرِ (٢٤)
فَقَالُوْۤا اَبَشَرًا مِّنَّا وَاحِدًا نَّتَّبِعُهٗۤ اِنَّاۤ اِذًا لَّفِیْ
ضَلٰلٍ وَّ سُعُرٍ (٢٥)
ءَاُلْقِیَ الذِّكْرُ عَلَیْهِ مِنْ بَیْنِنَا بَلْ هُوَ كَذَّابٌ
اَشِرٌ (٢٦)
سَیَعْلَمُوْنَ غَدًا مَّنِ الْكَذَّابُ الْاَشِرُ (٢٧)

25. kaj diris: "Kiel? Viro el nia mezo, sola! Ĉu ni sekvu lin? Tiam ni vere estus en eraro kaj en frenezo.

26. Ĉu ĝuste al li estis donita la admono el ni ĉiuj? Ne! Li estas vantema mensogulo".

27. Morgaŭ ili ekscios, kiu estas la vantema mensogulo!

28. Ni vere sendos la kamelinon kiel provon por ili: do observu ilin kaj persistu,

29. kaj anoncu al ili, ke la akvo estu disdonita inter ili; ĉiu trinktempo do estu difinita.

30. Ili tamen vokis sian kunulon kaj li kaptis ĝin kaj tranĉis ĝian kolon.

31. Kia do estis Mia puno kaj Mia admono!

32. Ni sendis al ili nur unu kriegon, kaj ili fariĝis kiel sekiĝintaj stoploj.

33. Vere Ni faris la Koranon facila por la admono; ĉu do estas iu, kiu akceptas la admonon?

34. Ankaŭ la popolo de Lot rifuzis la admonantojn.

35. Vere Ni sendis sur ilin pluvon de ŝtonoj, krom sur la familion de Lot, kiun Ni savis je la tagiĝo,

36. kiel favoro de Ni. Tiel Ni rekompencas tiun, kiu estas danka.

37. Vere li admonis ilin pri la puno, ili tamen disputis kun la admonantoj.

38. Ili fakte provis perfide konduki lin for de liaj gastoj. Ni tiam blindigis iliajn okulojn kaj diris: "Gustumu do Mian punon kaj Mian admonon".

39. Vere je la tagiĝo atingis ilin daŭra puno.

إِنَّا مُرْسِلُوا النَّاقَةِ فِتْنَةً لَّهُمْ فَارْتَقِبْهُمْ
وَاصْطَبِرْ ٢٧
وَنَبِّئْهُمْ أَنَّ الْمَاءَ قِسْمَةٌ بَيْنَهُمْ كُلُّ شِرْبٍ
مُّحْتَضَرٌ ٢٨
فَنَادَوْا صَاحِبَهُمْ فَتَعَاطَىٰ فَعَقَرَ ٢٩
فَكَيْفَ كَانَ عَذَابِي وَنُذُرِ ٣٠
إِنَّا أَرْسَلْنَا عَلَيْهِمْ صَيْحَةً وَاحِدَةً فَكَانُوا
كَهَشِيمِ الْمُحْتَظِرِ ٣١
وَلَقَدْ يَسَّرْنَا الْقُرْآنَ لِلذِّكْرِ فَهَلْ مِن مُّدَّكِرٍ ٣٢
كَذَّبَتْ قَوْمُ لُوطٍ بِالنُّذُرِ ٣٣
إِنَّا أَرْسَلْنَا عَلَيْهِمْ حَاصِبًا إِلَّا آلَ لُوطٍ نَّجَّيْنَاهُم
بِسَحَرٍ ٣٤
نِّعْمَةً مِّنْ عِندِنَا كَذَٰلِكَ نَجْزِي مَن شَكَرَ ٣٥
وَلَقَدْ أَنذَرَهُم بَطْشَتَنَا فَتَمَارَوْا بِالنُّذُرِ ٣٦
وَلَقَدْ رَاوَدُوهُ عَن ضَيْفِهِ فَطَمَسْنَا أَعْيُنَهُمْ
فَذُوقُوا عَذَابِي وَنُذُرِ ٣٧
وَلَقَدْ صَبَّحَهُم بُكْرَةً عَذَابٌ مُّسْتَقِرٌّ ٣٨
فَذُوقُوا عَذَابِي وَنُذُرِ ٣٩
وَلَقَدْ يَسَّرْنَا الْقُرْآنَ لِلذِّكْرِ فَهَلْ مِن مُّدَّكِرٍ ٤٠ ع

40. "Tial vi gustumu Mian punon kaj Mian admonon".

41. Vere Ni faris la Koranon facila por la admono; ĉu do estas iu, kiu akceptas la admonon?

42. Ankaŭ al la popolo de Faraono venis admonantoj,

43. ili tamen rifuzis ĉiujn Niajn signojn, kaj Ni ekkaptis ilin, kiel kapablas ekkapti nur iu ĉiopova, fortega.

44. Ĉu la miskredantoj inter vi estas pli bonaj ol tiuj? Aŭ ĉu vi havas senpekigon en la Skriboj?

45. Ĉu ili diras: "Ni estas trupo venkema"?

46. La trupoj tamen estos venkitaj kaj ili turnos siajn dorsojn.

47. Ne! La Horo estas la tempo, pri kiu estis minacite al ili, kaj la Horo estos terura kaj maldolĉa.

48. La pekuloj vere estos en eraro kaj en frenezo

49. en la tago, en kiu ili estos trenitaj en la fajron sur siaj vizaĝoj: "Gustumu la kontakton de l' Infero! ".

50. Ni vere kreis ĉion laŭ difinita mezuro,

51. kaj ĉiu Nia ordono estos plenumita per unu vorto kiel palpebrumo,

52. kaj Ni certe neniigis naciojn kiel via. Ĉu estas iu, kiu akceptas la admonon?

53. Ĉio, kion ili faris, troviĝas en la libroj,

54. kaj ĉio malgranda kaj granda estas enregistrita.

55. Vere la justuloj estos en ĝardenoj kaj inter riveroj,

56. en eterna loko apud la ĉiopova Reĝo.

وَلَقَدْ جَآءَ اٰلَ فِرْعَوْنَ النُّذُرُ ﴿٤١﴾

كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَا كُلِّهَا فَاَخَذْنٰهُمْ اَخْذَ عَزِيْزٍ مُّقْتَدِرٍ ﴿٤٢﴾

اَكُفَّارُكُمْ خَيْرٌ مِّنْ اُولٰٓئِكُمْ اَمْ لَكُمْ بَرَآءَةٌ فِي الزُّبُرِ ﴿٤٣﴾

اَمْ يَقُوْلُوْنَ نَحْنُ جَمِيْعٌ مُّنْتَصِرٌ ﴿٤٤﴾

سَيُهْزَمُ الْجَمْعُ وَيُوَلُّوْنَ الدُّبُرَ ﴿٤٥﴾

بَلِ السَّاعَةُ مَوْعِدُهُمْ وَالسَّاعَةُ اَدْهٰى وَاَمَرُّ ﴿٤٦﴾

اِنَّ الْمُجْرِمِيْنَ فِيْ ضَلٰلٍ وَّسُعُرٍ ﴿٤٧﴾

يَوْمَ يُسْحَبُوْنَ فِي النَّارِ عَلٰى وُجُوْهِهِمْ ذُوْقُوْا مَسَّ سَقَرَ ﴿٤٨﴾

اِنَّا كُلَّ شَيْءٍ خَلَقْنٰهُ بِقَدَرٍ ﴿٥٠﴾

وَمَآ اَمْرُنَآ اِلَّا وَاحِدَةٌ كَلَمْحٍ بِالْبَصَرِ ﴿٥١﴾

وَلَقَدْ اَهْلَكْنَآ اَشْيَاعَكُمْ فَهَلْ مِنْ مُّدَّكِرٍ ﴿٥٢﴾

وَكُلُّ شَيْءٍ فَعَلُوْهُ فِي الزُّبُرِ ﴿٥٣﴾

وَكُلُّ صَغِيْرٍ وَّكَبِيْرٍ مُّسْتَطَرٌ ﴿٥٤﴾

اِنَّ الْمُتَّقِيْنَ فِيْ جَنّٰتٍ وَّنَهَرٍ ﴿٥٥﴾

فِيْ مَقْعَدِ صِدْقٍ عِنْدَ مَلِيْكٍ مُّقْتَدِرٍ ﴿٥٦﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. La Donema

3. instruis la Koranon,

4. kreis la homon,

5. instruis al li esprimi sin kompreneble.

6. La suno kaj la luno sekvas siajn vojojn laŭ mezuro,

7. la herboj kaj la arboj riverencas;

8. Li altigis la ĉielon konveksan kaj difinis la mezuron,

9. por ke vi ne ekscesu la mezuron.

10. Tiel vi pesu ĉion ĝuste, kaj ne malpliigu maljuste la mezuron.

11. Li destinis la teron por la vivantaj estaĵoj;

12. sur ĝi estas fruktoj kaj palmoj kun fruktospikoj,

13. kaj greno en ujoj kaj bonodoraj floroj.

14. Kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi do volas negi, ho vi homoj kaj Ginnoj?

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾
اَلرَّحْمٰنُ ﴿٢﴾
عَلَّمَ الْقُرْاٰنَ ﴿٣﴾
خَلَقَ الْاِنْسَانَ ﴿٤﴾
عَلَّمَهُ الْبَيَانَ ﴿٥﴾
اَلشَّمْسُ وَالْقَمَرُ بِحُسْبَانٍ ﴿٦﴾
وَّالنَّجْمُ وَالشَّجَرُ يَسْجُدٰنِ ﴿٧﴾
وَالسَّمَآءَ رَفَعَهَا وَوَضَعَ الْمِيْزَانَ ﴿٨﴾
اَلَّا تَطْغَوْا فِى الْمِيْزَانِ ﴿٩﴾
وَاَقِيْمُوا الْوَزْنَ بِالْقِسْطِ وَلَا تُخْسِرُوا الْمِيْزَانَ ﴿١٠﴾
وَالْاَرْضَ وَضَعَهَا لِلْاَنَامِ ﴿١١﴾
فِيْهَا فَاكِهَةٌ وَّالنَّخْلُ ذَاتُ الْاَكْمَامِ ﴿١٢﴾
وَالْحَبُّ ذُو الْعَصْفِ وَالرَّيْحَانُ ﴿١٣﴾
فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿١٤﴾
خَلَقَ الْاِنْسَانَ مِنْ صَلْصَالٍ كَالْفَخَّارِ ﴿١٥﴾
وَخَلَقَ الْجَآنَّ مِنْ مَّارِجٍ مِّنْ نَّارٍ ﴿١٦﴾

15. Li kreis la homon el seka argilo, kiu estas kiel poto el bakita argilo.

16. Li kreis la Ĝinnojn el la flamo de la fajro.

17. Kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi?

18. La Sinjoro de ambaŭ Orientoj kaj de ambaŭ Okcidentoj.

19. Kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi?

20. Li liberigis ambaŭ marojn, por ke ili renkontu unu la alian,

21. inter ili estas baro, kiun ili ne povas transpaŝi,

22. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

23. el ambaŭ venas perloj kaj koraloj,

24. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

25. al Li apartenas la altaj ŝipoj sur la maro, kiuj estas kiel montoj.

26. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿١٧﴾
رَبُّ الْمَشْرِقَيْنِ وَرَبُّ الْمَغْرِبَيْنِ ﴿١٨﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿١٩﴾
مَرَجَ الْبَحْرَيْنِ يَلْتَقِيَانِ ﴿٢٠﴾
بَيْنَهُمَا بَرْزَخٌ لَا يَبْغِيَانِ ﴿٢١﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٢٢﴾
يَخْرُجُ مِنْهُمَا اللُّؤْلُؤُ وَالْمَرْجَانُ ﴿٢٣﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٢٤﴾
وَلَهُ الْجَوَارِ الْمُنْشَآتُ فِي الْبَحْرِ كَالْأَعْلَامِ ﴿٢٥﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٢٦﴾

27. Ĉio, kio estas sur la tero estas pasema,

28. sed la vizaĝo de via Sinjoro restos – la Majstro de la majesteco kaj de la honoro.

29. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

30. Al Li preĝas ĉiu, kiu estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Ĉiumomente Li malkaŝas sin en nova brilego.

31. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

كُلُّ مَنْ عَلَيْهَا فَانٍ ﴿٢٧﴾
وَيَبْقَىٰ وَجْهُ رَبِّكَ ذُو الْجَلَالِ وَالْإِكْرَامِ ﴿٢٨﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٢٩﴾
يَسْأَلُهُ مَنْ فِي السَّمٰوٰتِ وَالْأَرْضِ كُلَّ يَوْمٍ هُوَ فِي شَأْنٍ ﴿٣٠﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٣١﴾

32. Ankaŭ pri vi baldaŭ Ni zorgos, vi ambaŭ, Ĝinnoj kaj homoj;

33. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

34. ho vi kunveno de Ĝinnoj kaj homoj, se vi kapablas iri trans la limojn de la ĉieloj kaj de la tero, iru! Vi ne kapablos iri sen permeso.

35. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

36. Estos sendita, kontraŭ vin ambaŭ, flamo el fajro kaj fumego, kaj vi ambaŭ ne venkos.

37. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

38. Kiam la ĉielo fendiĝos kaj fariĝos ruĝa kiel ruĝa ledo,

39. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

40. en tiu tago neniu homo aŭ Ĝinno estos demandita pri sia peko;

41. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

42. la kulpuloj estos rekoneblaj pro siaj distingaj signoj, kaj ili estos ekkaptitaj je la hartufoj kaj je la piedoj.

43. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

44. Tiu ĉi estas la Infero, kiun la kulpuloj negis.

45. Ili iros tien kaj reen inter ĝi kaj bolanta akvo.

46. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

سنفرغ لكم ايه الثقلن ٣٢

فباي الاء ربكما تكذبن ٣٣

يمعشر الجن والانس ان استطعتم ان
تنفذوا من اقطار السموت والارض فانفذوا
لا تنفذون الا بسلطن ٣٤

فباي الاء ربكما تكذبن ٣٥

يرسل عليكما شواظ من نار ونحاس فلا
تنتصرن ٣٦

فباي الاء ربكما تكذبن ٣٧

فاذا انشقت السماء فكانت وردة كالدهان ٣٨

فباي الاء ربكما تكذبن ٣٩

فيومئذ لا يسئل عن ذنبه انس ولا جان ٤٠

فباي الاء ربكما تكذبن ٤١

يعرف المجرمون بسيمهم فيؤخذ بالنواصي و
الاقدام ٤٢

فباي الاء ربكما تكذبن ٤٣

هذه جهنم التي يكذب بها المجرمون ٤٤

يطوفون بينها وبين حميم ان ٤٥

ع فباي الاء ربكما تكذبن ٤٦

47. Por tiu tamen, kiu timas la ĉeeston de sia Sinjoro, estos du ĝardenoj

48. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

49. kun diversspecaj arboj,

50. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

51. en ambaŭ estos po du fluantaj fontoj,

52. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

53. en ambaŭ estos, de ĉiu frukto, paroj.

54. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

55. Ili kuŝos sur kusenoj, kies subŝtofo estos brokato, kaj la fruktoj de ambaŭ ĝardenoj estos facile atingeblaj,

56. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

57. En ambaŭ estos fraŭlinoj kun modestaj rigardoj, kiujn antaŭe nek homo nek Ĝinno tuŝis,

58. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

59. kvazaŭ ili estus rubenoj aŭ koraloj.

60. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

61. Ĉu la rekompenco pro la bono povas esti alia ol bono?

62. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

63. Apud ĉi tiuj estos aliaj du ĝardenoj,

64. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

وَلِمَنْ خَافَ مَقَامَ رَبِّهِ جَنَّتَانِ ﴿٤٧﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٤٨﴾
ذَوَاتَا أَفْنَانٍ ﴿٤٩﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٥٠﴾
فِيهِمَا عَيْنَانِ تَجْرِيَانِ ﴿٥١﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٥٢﴾
فِيهِمَا مِنْ كُلِّ فَاكِهَةٍ زَوْجَانِ ﴿٥٣﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٥٤﴾
مُتَّكِئِينَ عَلَىٰ فُرُشٍ بَطَائِنُهَا مِنْ إِسْتَبْرَقٍ ۚ وَ
جَنَى الْجَنَّتَيْنِ دَانٍ ﴿٥٥﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٥٦﴾
فِيهِنَّ قَاصِرَاتُ الطَّرْفِ لَمْ يَطْمِثْهُنَّ إِنْسٌ قَبْلَهُمْ
وَلَا جَانٌّ ﴿٥٧﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٥٨﴾
كَأَنَّهُنَّ الْيَاقُوتُ وَالْمَرْجَانُ ﴿٥٩﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٦٠﴾
هَلْ جَزَاءُ الْإِحْسَانِ إِلَّا الْإِحْسَانُ ﴿٦١﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٦٢﴾
وَمِنْ دُونِهِمَا جَنَّتَانِ ﴿٦٣﴾
فَبِأَيِّ آلَاءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبَانِ ﴿٦٤﴾

65. kun verda malhela foliaro;

مُدْهَآمَّتٰنِ ﴿٦٥﴾

66. – kiujn el al bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٦٦﴾

67. en ambaŭ estos po du fontoj abunde fluantaj,

فِيْهِمَا عَيْنٰنِ نَضَّاخَتٰنِ ﴿٦٧﴾

68. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٦٨﴾

69. en ambaŭ estos fruktoj kaj daktiloj kaj granatoj –

فِيْهِمَا فَاكِهَةٌ وَّنَخْلٌ وَّرُمَّانٌ ﴿٦٩﴾

70. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٧٠﴾

71. en ili estos bonegaj, belegaj fraŭlinoj,

فِيْهِنَّ خَيْرٰتٌ حِسَانٌ ﴿٧١﴾

72. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٧٢﴾

73. fraŭlinoj grandokulaj, en la tendoj,

حُوْرٌ مَّقْصُوْرٰتٌ فِي الْخِيَامِ ﴿٧٣﴾

74. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٧٤﴾

75. kiujn antaŭe nek homo nek Ĝinno tuŝis,

لَمْ يَطْمِثْهُنَّ اِنْسٌ قَبْلَهُمْ وَلَا جَآنٌّ ﴿٧٥﴾

76. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٧٦﴾

77. kuŝantaj sur verdaj kusenoj kaj belegaj tapiŝoj.

مُتَّكِـِٕيْنَ عَلٰى رَفْرَفٍ خُضْرٍ وَّعَبْقَرِيٍّ حِسَانٍ ﴿٧٧﴾

78. – kiujn el la bonfaroj de via Sinjoro vi ambaŭ do volas negi? –

فَبِاَيِّ اٰلَآءِ رَبِّكُمَا تُكَذِّبٰنِ ﴿٧٨﴾

79. Benata estas la nomo de via Sinjoro, la Majstro de l' majesteco kaj de l' honoro.

تَبٰرَكَ اسْمُ رَبِّكَ ذِى الْجَلٰلِ وَالْاِكْرَامِ ﴿٧٩﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema. — بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Kiam okazos la okazantaĵo, — إِذَا وَقَعَتِ الْوَاقِعَةُ ﴿٢﴾

3. — nenio povos malhelpi ĝian realiĝon — — لَيْسَ لِوَقْعَتِهَا كَاذِبَةٌ ﴿٣﴾

4. kiu altigas kaj malaltigas; — خَافِضَةٌ رَّافِعَةٌ ﴿٤﴾

5. kiam la tero fortege skuiĝos, — إِذَا رُجَّتِ الْأَرْضُ رَجًّا ﴿٥﴾

6. kaj la montoj estos tute pistitaj, — وَبُسَّتِ الْجِبَالُ بَسًّا ﴿٦﴾

7. kaj fariĝos polvo, ĉien disŝutita, — فَكَانَتْ هَبَاءً مُّنبَثًّا ﴿٧﴾

8. kaj vi estos dividitaj en tri grupojn: — وَكُنتُمْ أَزْوَاجًا ثَلَاثَةً ﴿٨﴾

9. unue, tiuj je la dekstra flanko — kion vi scias pri tiuj je la dekstra flanko? — — فَأَصْحَابُ الْمَيْمَنَةِ مَا أَصْحَابُ الْمَيْمَنَةِ ﴿٩﴾

10. poste, tiuj je la maldekstra flanko — kion vi scias pri tiuj je la maldekstra flanko? — — وَأَصْحَابُ الْمَشْأَمَةِ مَا أَصْحَابُ الْمَشْأَمَةِ ﴿١٠﴾

11. kaj la antaŭirintoj estos la antaŭirantoj — وَالسَّابِقُونَ السَّابِقُونَ ﴿١١﴾

12. ili estos la plej proksimaj al Dio, — أُولَٰئِكَ الْمُقَرَّبُونَ ﴿١٢﴾

13. en ĝardenoj de feliĉo. — فِي جَنَّاتِ النَّعِيمِ ﴿١٣﴾

14. Multaj el ili estos prauloj, — ثُلَّةٌ مِّنَ الْأَوَّلِينَ ﴿١٤﴾

15. malmultaj posteuloj. — وَقَلِيلٌ مِّنَ الْآخِرِينَ ﴿١٥﴾

16. Ili sidos sur broditaj kusenoj, — عَلَىٰ سُرُرٍ مَّوْضُونَةٍ ﴿١٦﴾

17. kuŝante sur ili, vidalvide; — مُّتَّكِئِينَ عَلَيْهَا مُتَقَابِلِينَ ﴿١٧﴾

18. zorgos pri ili junuloj, kiuj ne maljuniĝos, — يَطُوفُ عَلَيْهِمْ وِلْدَانٌ مُّخَلَّدُونَ ﴿١٨﴾

19. kun krateroj, kalikoj kaj pokaloj da freŝa trinkaĵo

بِاَكْوَابٍ وَّ اَبَارِيْقَ ۙ وَ كَاْسٍ مِّنْ مَّعِيْنٍ ۙ ﴿١٩﴾

20. – kiu kaŭzos nek kapdolorojn nek ebriecon –

لَّا يُصَدَّعُوْنَ عَنْهَا وَ لَا يُنْزِفُوْنَ ۙ ﴿٢٠﴾

21. kaj kun la fruktoj, kiujn ili preferas,

وَ فَاكِهَةٍ مِّمَّا يَتَخَيَّرُوْنَ ۙ ﴿٢١﴾

22. kaj kun viando de birdoj, kiun ili deziras,

وَ لَحْمِ طَيْرٍ مِّمَّا يَشْتَهُوْنَ ؕ ﴿٢٢﴾

23. kaj fraŭlinoj grandokulaj,

وَ حُوْرٌ عِيْنٌ ۙ ﴿٢٣﴾

24. kvazaŭ kaŝitaj perloj,

كَاَمْثَالِ اللُّؤْلُؤِ الْمَكْنُوْنِ ۚ ﴿٢٤﴾

25. kiel rekompenco pro tio, kion ili faris.

جَزَآءًۢ بِمَا كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ ﴿٢٥﴾

26. Tie ili aŭdos nek vanan babiladon nek pekajn parolojn,

لَا يَسْمَعُوْنَ فِيْهَا لَغْوًا وَّ لَا تَاْثِيْمًا ۙ ﴿٢٦﴾

27. nur la vorton: "Pacon! Pacon! ".

اِلَّا قِيْلًا سَلٰمًا سَلٰمًا ﴿٢٧﴾

28. Pri tiuj je la dekstra flanko – kion vi scias pri tiuj je la dekstra flanko? –

وَ اَصْحٰبُ الْيَمِيْنِ ۙ مَاۤ اَصْحٰبُ الْيَمِيْنِ ؕ ﴿٢٨﴾

29. ili estos inter lotusarboj sen dornoj,

فِيْ سِدْرٍ مَّخْضُوْدٍ ۙ ﴿٢٩﴾

30. kaj fruktoplenaj bananarboj,

وَّ طَلْحٍ مَّنْضُوْدٍ ۙ ﴿٣٠﴾

31. kaj larĝaj ombroj,

وَّ ظِلٍّ مَّمْدُوْدٍ ۙ ﴿٣١﴾

32. apud fluanta akvo,

وَّ مَآءٍ مَّسْكُوْبٍ ۙ ﴿٣٢﴾

33. kun abundaj fruktoj

وَّ فَاكِهَةٍ كَثِيْرَةٍ ۙ ﴿٣٣﴾

34. senfinaj, permesitaj,

لَّا مَقْطُوْعَةٍ وَّ لَا مَمْنُوْعَةٍ ۙ ﴿٣٤﴾

35. sur altaj litoj.

وَّ فُرُشٍ مَّرْفُوْعَةٍ ؕ ﴿٣٥﴾

36. Ni vere faris iliajn edzinojn miriga kreo,

اِنَّاۤ اَنْشَاْنٰهُنَّ اِنْشَآءً ۙ ﴿٣٦﴾

37. Ni faris ilin virgulinoj,

فَجَعَلْنٰهُنَّ اَبْكَارًا ۙ ﴿٣٧﴾

38. amemaj, samaĝaj,

عُرُبًا اَتْرَابًا ۙ ﴿٣٨﴾

39. posedo de tiuj je la dekstra flanko;

لِّاَصْحٰبِ الْيَمِيْنِ ؕ ﴿٣٩﴾

40. Granda nombro da ili estos el la antaŭaj generacioj,

ثُلَّةٌ مِّنَ الْأَوَّلِينَ ﴿٤٠﴾

41. kaj granda nombro el la pli malfruaj.

وَثُلَّةٌ مِّنَ الْآخِرِينَ ﴿٤١﴾

42. Pri tiuj je la maldekstra flanko – kion vi scias pri tiuj je la maldekstra flanko? –

وَأَصْحٰبُ الشِّمَالِ ۙ مَآ أَصْحٰبُ الشِّمَالِ ﴿٤٢﴾

43. ili estos inter varmega ventego kaj bolanta akvo,

فِي سَمُومٍ وَّحَمِيمٍ ﴿٤٣﴾

44. kaj ombroj el nigra fumo

وَظِلٍّ مِّن يَحْمُومٍ ﴿٤٤﴾

45. nek malvarmeta nek refreŝiganta.

لَّا بَارِدٍ وَّلَا كَرِيمٍ ﴿٤٥﴾

46. Certe ili antaŭe pasigis sian vivon en komforteco,

إِنَّهُمْ كَانُوا قَبْلَ ذٰلِكَ مُتْرَفِينَ ﴿٤٦﴾

47. kaj ili vivis en grava pekado,

وَكَانُوا يُصِرُّونَ عَلَى الْحِنْثِ الْعَظِيمِ ﴿٤٧﴾

48. kaj kutimis diri: "Kiel? Post kiam ni mortis kaj fariĝis polvo kaj ostoj, ni verdire vekiĝos?

وَكَانُوا يَقُولُونَ ۙ أَئِذَا مِتْنَا وَكُنَّا تُرَابًا وَّ
عِظَامًا أَءِنَّا لَمَبْعُوثُونَ ﴿٤٨﴾

49. Kaj same niaj prapatroj? ".

أَوَ آبَاؤُنَا الْأَوَّلُونَ ﴿٤٩﴾

50. Diru: "Vere la fruaj kaj la malfruaj,

قُلْ إِنَّ الْأَوَّلِينَ وَالْآخِرِينَ ﴿٥٠﴾

51. ĉiuj kunvenos je difinita tempo en difinita tago.

لَمَجْمُوعُونَ ۙ إِلَىٰ مِيقَاتِ يَوْمٍ مَّعْلُومٍ ﴿٥١﴾

52. Tiam, ho vi erarantoj, vi rifuzantoj,

ثُمَّ إِنَّكُمْ أَيُّهَا الضَّالُّونَ الْمُكَذِّبُونَ ﴿٥٢﴾

53. vi manĝos la fruktojn de la arbo Zakkūm,

لَآكِلُونَ مِن شَجَرٍ مِّن زَقُّومٍ ﴿٥٣﴾

54. kaj plenigos per ili viajn ventrojn;

فَمَالِئُونَ مِنْهَا الْبُطُونَ ﴿٥٤﴾

55. poste vi trinkos sur ilin bolantan akvon,

فَشَارِبُونَ عَلَيْهِ مِنَ الْحَمِيمِ ﴿٥٥﴾

56. kiun vi trinkos, kiel trinkas la kamelo soifanta.

فَشَارِبُونَ شُرْبَ الْهِيمِ ﴿٥٦﴾

هٰذَا نُزُلُهُمْ يَوْمَ الدِّينِ ﴿٥٧﴾

57. Tiu estos la traktado por ili en la tago de la lasta Juĝo.

نَحْنُ خَلَقْنٰكُمْ فَلَوْلَا تُصَدِّقُونَ ﴿٥٨﴾

58. Ni kreis vin. Kial vi do ne volas rekoni la veron?

أَفَرَءَيْتُم مَّا تُمْنُونَ ﴿٥٩﴾

59. Kion vi pensas pri la spermo, kiun vi elŝprucas?

ءَأَنتُمْ تَخْلُقُونَهُۥٓ أَمْ نَحْنُ ٱلْخَٰلِقُونَ ﴿٦٠﴾

60. Ĉu ĝin kreis vi aŭ Ni?

نَحْنُ قَدَّرْنَا بَيْنَكُمُ ٱلْمَوْتَ وَمَا نَحْنُ بِمَسْبُوقِينَ ﴿٦١﴾

61. Ni destinis por vi la morton, kaj nenio povas malhelpi Nin

عَلَىٰٓ أَن نُّبَدِّلَ أَمْثَٰلَكُمْ وَنُنشِئَكُمْ فِى مَا
لَا تَعْلَمُونَ ﴿٦٢﴾

62. estigi similajn ulojn anstataŭ vi, kaj fari vin io alia, kion vi ne scias.

وَلَقَدْ عَلِمْتُمُ ٱلنَّشْأَةَ ٱلْأُولَىٰ فَلَوْلَا تَذَكَّرُونَ ﴿٦٣﴾

63. Vi certe konas la unuan kreon. Kial vi do ne volas pripensi?

أَفَرَءَيْتُم مَّا تَحْرُثُونَ ﴿٦٤﴾

64. Ĉu vi pripensas pri tio, kion vi semas?

ءَأَنتُمْ تَزْرَعُونَهُۥٓ أَمْ نَحْنُ ٱلزَّٰرِعُونَ ﴿٦٥﴾

65. Ĉu ĝin kreskigas vi aŭ Ni?

لَوْ نَشَآءُ لَجَعَلْنَٰهُ حُطَٰمًا فَظَلْتُمْ تَفَكَّهُونَ ﴿٦٦﴾

66. Se Ni volus, Ni povus fari ĝin polvo, tiam vi ne ĉesus plori:

إِنَّا لَمُغْرَمُونَ ﴿٦٧﴾

67. "Ni vere ruiniĝis!

بَلْ نَحْنُ مَحْرُومُونَ ﴿٦٨﴾

68. Ne! Ni estas prirabitaj! ".

أَفَرَءَيْتُمُ ٱلْمَآءَ ٱلَّذِى تَشْرَبُونَ ﴿٦٩﴾

69. Ĉu vi pripensas pri la akvo, kiun vi trinkas?

ءَأَنتُمْ أَنزَلْتُمُوهُ مِنَ ٱلْمُزْنِ أَمْ نَحْنُ ٱلْمُنزِلُونَ ﴿٧٠﴾

70. Ĉu sendas ĝin el la nuboj vi aŭ Ni?

لَوْ نَشَآءُ جَعَلْنَٰهُ أُجَاجًا فَلَوْلَا تَشْكُرُونَ ﴿٧١﴾

71. Se Ni volus, Ni povus fari ĝin maldolĉa. Kial vi do ne dankas?

أَفَرَءَيْتُمُ ٱلنَّارَ ٱلَّتِى تُورُونَ ﴿٧٢﴾

72. Ĉu vi pripensas pri la fajro, kiun vi ekbruligas?

ءَأَنتُمْ أَنشَأْتُمْ شَجَرَتَهَآ أَمْ نَحْنُ ٱلْمُنشِـُٔونَ ﴿٧٣﴾

73. Ĉu estis vi tiuj, kiuj estigis la arbon por ĝi, aŭ ĉu Ni estas la Kreinto?

نَحْنُ جَعَلْنَٰهَا تَذْكِرَةً وَمَتَٰعًا لِّلْمُقْوِينَ ﴿٧٤﴾

74. Ni kreis ĝin kiel admonon kaj utilon por la vojaĝantoj tra la dezerto.

فَسَبِّحْ بِٱسْمِ رَبِّكَ ٱلْعَظِيمِ ﴿٧٥﴾

فَلَآ أُقْسِمُ بِمَوَٰقِعِ ٱلنُّجُومِ ﴿٧٦﴾

75. Tial vi gloregu la nomon de via Sinjoro, la Grandega.

وَإِنَّهُۥ لَقَسَمٌ لَّوْ تَعْلَمُونَ عَظِيمٌ ﴿٧٧﴾

76. Jes! Mi ĵuras per la subiro de la steloj,

إِنَّهُۥ لَقُرْءَانٌ كَرِيمٌ ﴿٧٨﴾

77. kaj vere ĉi tiu estas granda ĵuro – se vi nur scius!

فِي كِتَٰبٖ مَّكۡنُونٖ (٧٩)

78. Ĉi tiu vere estas nobla Korano

لَّا يَمَسُّهُۥٓ إِلَّا ٱلۡمُطَهَّرُونَ (٨٠)

79. en Libro bone gardata,

تَنزِيلٞ مِّن رَّبِّ ٱلۡعَٰلَمِينَ (٨١)

80. kiun neniu alia povas tuŝi, ol la puruloj,

أَفَبِهَٰذَا ٱلۡحَدِيثِ أَنتُم مُّدۡهِنُونَ (٨٢)

81. revelacio de la Sinjoro de l' Universo.

وَتَجۡعَلُونَ رِزۡقَكُمۡ أَنَّكُمۡ تُكَذِّبُونَ (٨٣)

82. Ĉu vi volas rifuzi ĉi tiun Dian anoncon?

فَلَوۡلَآ إِذَا بَلَغَتِ ٱلۡحُلۡقُومَ (٨٤)

83. Ĉu vi volus fari la rifuzon de ĝi via ĉiutaga nutraĵo?

وَأَنتُمۡ حِينَئِذٖ تَنظُرُونَ (٨٥)

84. Kial do, kiam la animo de la mortonto supreniras al lia gorĝo,

وَنَحۡنُ أَقۡرَبُ إِلَيۡهِ مِنكُمۡ وَلَٰكِن لَّا تُبۡصِرُونَ (٨٦)

85. kaj vi rigardas en tiu momento

فَلَوۡلَآ إِن كُنتُمۡ غَيۡرَ مَدِينِينَ (٨٧)

86. kaj Ni estas pli proksima al li ol vi, sed vi ne vidas,

تَرۡجِعُونَهَآ إِن كُنتُمۡ صَٰدِقِينَ (٨٨)

87. kial do, se vi ne volas esti juĝitaj,

فَأَمَّآ إِن كَانَ مِنَ ٱلۡمُقَرَّبِينَ (٨٩)

88. vi ne puŝas ĝin reen, se vi estas sinceraj?

فَرَوۡحٞ وَرَيۡحَانٞ وَجَنَّتُ نَعِيمٖ (٩٠)

89. Se li nun estas unu el la proksimuloj al Dio,

وَأَمَّآ إِن كَانَ مِنۡ أَصۡحَٰبِ ٱلۡيَمِينِ (٩١)

90. tiam li ĝuos feliĉon kaj bonodoron kaj ĝardenon de ĝojo.

فَسَلَٰمٞ لَّكَ مِنۡ أَصۡحَٰبِ ٱلۡيَمِينِ (٩٢)

91. Se li estas unu el tiuj je la dekstra flanko,

وَأَمَّآ إِن كَانَ مِنَ ٱلۡمُكَذِّبِينَ ٱلضَّآلِّينَ (٩٣)

92. "Pacon al vi, kiu estas unu el tiuj je la dekstra flanko!".

فَنُزُلٞ مِّنۡ حَمِيمٖ (٩٤)

93. Se li male estas unu el la rifuzintoj, erarintoj,

94. tiam la traktado kontraŭ li estas bolanta akvo

95. kaj brulado en la Infero.

وَّتَصْلِيَةُ جَحِيمٍ ﴿٩٥﴾

96. Ĉi tio, vere, estas certa vero.

إِنَّ هَٰذَا لَهُوَ حَقُّ الْيَقِينِ ﴿٩٦﴾

97. Tial vi gloregu la nomon de via Sinjoro, ia Grandega!

فَسَبِّحْ بِاسْمِ رَبِّكَ الْعَظِيمِ ﴿٩٧﴾

## Ĉapitro 57 **Al-Hadid** _ (La fero)* 27-a parto

سُورَةُ الْحَدِيدِ مَدَنِيَّةٌ (٥٧) آياتها ٢٩ ركوعاتها ٤

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ

2. Gloregas Allahon, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

سَبَّحَ لِلَّهِ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۖ وَهُوَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ﴿١﴾

3. Al Li apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Li igas vivi kaj morti, kaj Li havas povon super ĉiuj aferoj.

لَهُ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۖ يُحْيِي وَيُمِيتُ ۖ وَهُوَ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ قَدِيرٌ ﴿٢﴾

4. Li estas la Unua kaj la Lasta, la Videbla kaj la Kaŝita, kaj Li scias ĉion.

هُوَ الْأَوَّلُ وَالْآخِرُ وَالظَّاهِرُ وَالْبَاطِنُ ۖ وَهُوَ بِكُلِّ شَيْءٍ عَلِيمٌ ﴿٣﴾

5. Estas Li Tiu, kiu kreis la ĉielojn kaj la teron en ses tagoj, poste Li sidiĝis sur la Tronon. Li scias, kio eniras en la teron kaj kio eliras el ĝi, kaj kio malsupreniras de la ĉielo kaj kio supreniras al ĝi. Li estas kun vi, kie ajn vi estas. Allah vidas ĉion, kion vi faras.

هُوَ الَّذِي خَلَقَ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضَ فِي سِتَّةِ أَيَّامٍ ثُمَّ اسْتَوَىٰ عَلَى الْعَرْشِ ۚ يَعْلَمُ مَا يَلِجُ فِي الْأَرْضِ وَمَا يَخْرُجُ مِنْهَا وَمَا يَنْزِلُ مِنَ السَّمَاءِ وَمَا يَعْرُجُ فِيهَا ۖ وَهُوَ مَعَكُمْ أَيْنَ مَا كُنْتُمْ ۚ وَاللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ﴿٤﴾

6. Al Li apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Al Allah revenos ĉiuj aferoj.

لَهُ مُلْكُ السَّمَاوَاتِ وَالْأَرْضِ ۚ وَإِلَى اللَّهِ تُرْجَعُ الْأُمُورُ ﴿٥﴾

7. Li igas la nokton eniri en la tagon, kaj Li igas la tagon eniri en la nokton. Li konas ĉion, kio estas en la brustoj.

8. Kredu je Allah kaj al Lia sendito kaj disdonu el tio, de kio Li faris vin heredantoj. Por tiuj el vi, kiuj kredas kaj almozdonas, estos granda rekompenco.

* v. la verson 26an

9. Kio estas al vi, ke vi ne kredas je Allah, kvankam la sendito vokas vin, por ke vi kredu je via Sinjoro, kaj jam ricevis de vi solenan promeson, se vi estas kredantoj?

10. Estas Li Tiu, kiu sendis al Sia servanto evidentajn signojn, por ke li konduku vin el la mallumego al la lumo. Vere Allah estas kompatema, pardonema al vi.

11. Kio estas al vi, ke vi ne almozdonas por la afero de Allah, kvankam la heredaĵo de la ĉieloj kaj de la tero apartenas al Allah? Tiuj el vi, kiuj almozdonis antaŭ la venko kaj poste batalis, tiuj ne estas egalaj – ili estas superaj je rango – al tiuj, kiuj almozdonis apenaŭ, post kiam ili batalis. Al ĉiuj tamen Allah promesis bonon. Allah bone scias, kion vi faras.

12. Kiu estas tiu, kiu donas al Allah belan prunton? Li multobligos ĝin por li, kaj por li estos nobla rekompenco.

13. Iutage vi vidos la kredantojn kaj la kredantinojn, kiam la radioj de ilia lumo antaŭiros ilin kaj iliajn manojn dekstrajn:* "Bona novaĵo por vi hodiaŭ! Ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj, por ke vi restu en ili por ĉiam. Tiu estas la plej granda feliĉo! ".

14. En tiu tago diros la hipokrituloj kaj la hipokritulinoj al la kredantoj: "Atendu nin! Ni volas pruntepreni iom da via lumo". Tiam estos dirite al ili: "Reiru malantaŭen kaj serĉu tie la lumon". Poste estos starigita inter ili muro, kaj en ĝi estos pordo. Ĝia interna parto estos kompato, kaj ĝia ekstera parto estos puno.

15. Tiam ili krios al la kredantoj: "Ĉu ni ne estis kun vi? ". Tiuj respondos: "Jes, sed vi tentis viajn animojn, kaj atendis, kaj dubis, kaj vin ebriigis viaj pasioj, ĝis venis

* ĉirkaŭos ilin

يُولِجُ الَّيْلَ فِي النَّهَارِ وَيُولِجُ النَّهَارَ فِي
الَّيْلِ ۚ وَهُوَ عَلِيمٌ بِذَاتِ الصُّدُورِ ﴿٧﴾
اٰمِنُوا بِاللّٰهِ وَرَسُولِهٖ وَاَنْفِقُوا مِمَّا جَعَلَكُمْ
مُسْتَخْلَفِينَ فِيهِ ۚ فَالَّذِينَ اٰمَنُوا مِنْكُمْ وَاَنْفَقُوا
لَهُمْ اَجْرٌ كَبِيرٌ ﴿٨﴾
وَمَا لَكُمْ لَا تُؤْمِنُونَ بِاللّٰهِ ۚ وَالرَّسُولُ يَدْعُوكُمْ
لِتُؤْمِنُوا بِرَبِّكُمْ وَقَدْ اَخَذَ مِيثَاقَكُمْ اِنْ كُنْتُمْ
مُؤْمِنِينَ ﴿٩﴾
هُوَ الَّذِي يُنَزِّلُ عَلٰى عَبْدِهٖٓ اٰيٰتٍ بَيِّنٰتٍ لِّيُخْرِجَكُمْ
مِّنَ الظُّلُمٰتِ اِلَى النُّورِ ۚ وَاِنَّ اللّٰهَ بِكُمْ لَرَءُوفٌ
رَّحِيمٌ ﴿١٠﴾
وَمَا لَكُمْ اَلَّا تُنْفِقُوا فِي سَبِيلِ اللّٰهِ وَلِلّٰهِ مِيرَاثُ
السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۚ لَا يَسْتَوِي مِنْكُمْ مَّنْ اَنْفَقَ
مِنْ قَبْلِ الْفَتْحِ وَقٰتَلَ ۚ اُولٰٓئِكَ اَعْظَمُ دَرَجَةً مِّنَ
الَّذِينَ اَنْفَقُوا مِنْ بَعْدُ وَقٰتَلُوا ۚ وَكُلًّا وَّعَدَ اللّٰهُ
الْحُسْنٰى ۚ وَاللّٰهُ بِمَا تَعْمَلُونَ خَبِيرٌ ﴿١١﴾
مَنْ ذَا الَّذِي يُقْرِضُ اللّٰهَ قَرْضًا حَسَنًا فَيُضٰعِفَهٗ
لَهٗ وَلَهٗٓ اَجْرٌ كَرِيمٌ ﴿١٢﴾
يَوْمَ تَرَى الْمُؤْمِنِينَ وَالْمُؤْمِنٰتِ يَسْعٰى نُورُهُمْ
بَيْنَ اَيْدِيهِمْ وَبِاَيْمَانِهِمْ بُشْرٰىكُمُ الْيَوْمَ
جَنّٰتٌ تَجْرِي مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ خٰلِدِينَ فِيهَا ۚ
ذٰلِكَ هُوَ الْفَوْزُ الْعَظِيمُ ﴿١٣﴾

la ordono de Allah. La Trompisto trompis vin pri Allah.

16. Hodiaŭ tial estos akceptita elaĉeto nek de vi nek de la miskredantoj. Via restadejo estos la fajro; tiu estas taŭga loĝejo por vi. Malbona estas la destino! ".

17. Ĉu ne alvenis la tempo por la kredantoj, por ke iliaj koroj humiliĝu antaŭ la admono de Allah kaj antaŭ la vero, kiu venis, kaj por ke ili ne fariĝu kiel tiuj, al kiuj estis donita la Libro antaŭe, kaj al kiuj estis konsentita prokrasto, kies koroj tamen malmoliĝis kaj el kiuj multaj fariĝis malobeemaj?

18. Sciu, ke Allah revivigas la teron post ĝia morto. Ni klarigas por vi la revelaciojn , por ke vi komprenu.

19. Vere la almozdonantoj kaj la almozdonantinoj kaj tiuj, kiuj pruntedonas al Allah belan prunton, por ili Li multobligos ĝin, kaj por ili estos nobla rekompenco.

20. Tiuj, kiuj kredas je Allah kaj al Lia sendito, estas ili tiuj, kiuj estas sinceremuloj kaj atestantoj antaŭ sia Sinjoro. Ili ricevos sian rekompencon kaj sian lumon. Tiuj male, kiuj nekredas kaj rifuzas Niajn signojn, estas ili tiuj, kiuj estos loĝantoj de l' Infero.

21. Sciu, ke ĉi tiu vivo estas nur ludo kaj amuzaĵo kaj ornamaĵo kaj vantaĵo inter vi, kaj konkuro por pliigo de propraĵoj kaj de filoj. Ĝi similas al la pluvo, kiu kreskigas la herbojn, kies kresko ĝojigas la kampulojn, poste tamen sekiĝas, kaj vi vidas ilin flaviĝi, poste ili fariĝas polvo. En la vivo venonta estos severa puno, aŭ pardono kaj plezuro de Allah. Ĉi tiu vivo male nur estas trompo.

يَوْمَ يَقُوْلُ الْمُنٰفِقُوْنَ وَالْمُنٰفِقٰتُ لِلَّذِيْنَ اٰمَنُوا
انْظُرُوْنَا نَقْتَبِسْ مِنْ نُّوْرِكُمْ قِيْلَ ارْجِعُوْا
وَرَآءَكُمْ فَالْتَمِسُوْا نُوْرًا فَضُرِبَ بَيْنَهُمْ بِسُوْرٍ
لَّهٗ بَابٌ بَاطِنُهٗ فِيْهِ الرَّحْمَةُ وَظَاهِرُهٗ مِنْ قِبَلِهِ
الْعَذَابُ ﴿۱۴﴾
يُنَادُوْنَهُمْ اَلَمْ نَكُنْ مَّعَكُمْ قَالُوْا بَلٰى وَلٰكِنَّكُمْ
فَتَنْتُمْ اَنْفُسَكُمْ وَتَرَبَّصْتُمْ وَارْتَبْتُمْ وَغَرَّتْكُمُ
الْاَمَانِيُّ حَتّٰى جَآءَ اَمْرُ اللّٰهِ وَغَرَّكُمْ بِاللّٰهِ الْغَرُوْرُ ﴿۱۵﴾
فَالْيَوْمَ لَا يُؤْخَذُ مِنْكُمْ فِدْيَةٌ وَّلَا مِنَ الَّذِيْنَ
كَفَرُوْا مَاْوٰىكُمُ النَّارُ هِيَ مَوْلٰىكُمْ وَبِئْسَ
الْمَصِيْرُ ﴿۱۶﴾
اَلَمْ يَاْنِ لِلَّذِيْنَ اٰمَنُوْآ اَنْ تَخْشَعَ قُلُوْبُهُمْ لِذِكْرِ
اللّٰهِ وَمَا نَزَلَ مِنَ الْحَقِّ وَلَا يَكُوْنُوْا كَالَّذِيْنَ اُوْتُوا
الْكِتٰبَ مِنْ قَبْلُ فَطَالَ عَلَيْهِمُ الْاَمَدُ فَقَسَتْ
قُلُوْبُهُمْ وَكَثِيْرٌ مِّنْهُمْ فٰسِقُوْنَ ﴿۱۷﴾
اِعْلَمُوْآ اَنَّ اللّٰهَ يُحْيِ الْاَرْضَ بَعْدَ مَوْتِهَا قَدْ
بَيَّنَّا لَكُمُ الْاٰيٰتِ لَعَلَّكُمْ تَعْقِلُوْنَ ﴿۱۸﴾
اِنَّ الْمُصَّدِّقِيْنَ وَالْمُصَّدِّقٰتِ وَاَقْرَضُوا اللّٰهَ
قَرْضًا حَسَنًا يُّضٰعَفُ لَهُمْ وَلَهُمْ اَجْرٌ كَرِيْمٌ ﴿۱۹﴾
وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا بِاللّٰهِ وَرُسُلِهٖٓ اُولٰٓئِكَ هُمُ الصِّدِّيْقُوْنَ
وَالشُّهَدَآءُ عِنْدَ رَبِّهِمْ لَهُمْ اَجْرُهُمْ وَنُوْرُهُمْ
وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَكَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَآ اُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ
الْجَحِيْمِ ﴿۲۰﴾ ع ۱۸

22. Konkuru do pri la pardono de via Sinjoro kaj pri la Paradizo, kies valoro estas kiel la valoro de la ĉielo kaj de la tero, pretigita por tiuj, kiuj kredas je Allah kaj al Liaj senditoj. Tio estas la graco de Allah. Li donas ĝin, al kiu Li volas. Allah estas la Posedanto de la granda graco.

23. Ĉiu malfeliĉo, kiu okazas sur la tero kaj en via animo, estas skribita en Libro, antaŭ ol Ni estigas ĝin – vere tio estas facila por Allah –,

24. por ke vi ne ĉagreniĝu pri tio, kion vi perdis, kaj ne fieriĝu pro tio, kion Ni donis al vi. Allah ne amas la vantemajn ambiciulojn,

25. tiujn, kiuj estas avaraj kaj instigas la homojn al la avareco. Kaj tiu, kiu turnas sin for – vere Allah estas la Memsufiĉa, la Laŭdegenda.

26. Vere Ni sendis Niajn senditojn kun evidentaj signoj, kaj Ni sendis kun ili la Libron kaj la mezurilon, por ke la homoj agu juste, kaj Ni kreis la feron, en kiu estas severa milito sed ankaŭ utilo por la homaro, kaj por ke Allah distingu tiujn, kiuj subtenas Lin kaj Liajn senditojn, kvankam sekrete. Vere Allah estas fortega, ĉiopova.

27. Ni ankaŭ sendis Noan kaj Abrahamon, kaj Ni donis al ili kaj al iliaj posteuloj la profetadon kaj la Libron. Inter ili estis iuj, kiuj estis sur la rekta vojo, sed multaj el ili estis ribelemaj.

اِعْلَمُوْٓا اَنَّمَا الْحَيٰوةُ الدُّنْيَا لَعِبٌ وَّلَهْوٌ وَّزِيْنَةٌ
وَّتَفَاخُرٌۢ بَيْنَكُمْ وَتَكَاثُرٌ فِي الْاَمْوَالِ وَالْاَوْلَادِ
كَمَثَلِ غَيْثٍ اَعْجَبَ الْكُفَّارَ نَبَاتُهٗ ثُمَّ يَهِيْجُ
فَتَرٰىهُ مُصْفَرًّا ثُمَّ يَكُوْنُ حُطَامًا وَفِي الْاٰخِرَةِ
عَذَابٌ شَدِيْدٌ وَّمَغْفِرَةٌ مِّنَ اللّٰهِ وَرِضْوَانٌ
وَمَا الْحَيٰوةُ الدُّنْيَآ اِلَّا مَتَاعُ الْغُرُوْرِ ﴿٢١﴾
سَابِقُوْٓا اِلٰى مَغْفِرَةٍ مِّنْ رَّبِّكُمْ وَجَنَّةٍ عَرْضُهَا
كَعَرْضِ السَّمَآءِ وَالْاَرْضِ اُعِدَّتْ لِلَّذِيْنَ اٰمَنُوْا
بِاللّٰهِ وَرُسُلِهٖ ذٰلِكَ فَضْلُ اللّٰهِ يُؤْتِيْهِ مَنْ يَّشَآءُ
وَاللّٰهُ ذُو الْفَضْلِ الْعَظِيْمِ ﴿٢٢﴾
مَآ اَصَابَ مِنْ مُّصِيْبَةٍ فِي الْاَرْضِ وَلَا فِيْٓ اَنْفُسِكُمْ
اِلَّا فِيْ كِتٰبٍ مِّنْ قَبْلِ اَنْ نَّبْرَاَهَا اِنَّ ذٰلِكَ عَلَى
اللّٰهِ يَسِيْرٌ ﴿٢٣﴾
لِّكَيْلَا تَاْسَوْا عَلٰى مَا فَاتَكُمْ وَلَا تَفْرَحُوْا بِمَآ اٰتٰىكُمْ
وَاللّٰهُ لَا يُحِبُّ كُلَّ مُخْتَالٍ فَخُوْرِ ﴿٢٤﴾
اِلَّذِيْنَ يَبْخَلُوْنَ وَيَاْمُرُوْنَ النَّاسَ بِالْبُخْلِ وَمَنْ
يَّتَوَلَّ فَاِنَّ اللّٰهَ هُوَ الْغَنِيُّ الْحَمِيْدُ ﴿٢٥﴾
لَقَدْ اَرْسَلْنَا رُسُلَنَا بِالْبَيِّنٰتِ وَاَنْزَلْنَا مَعَهُمُ
الْكِتٰبَ وَالْمِيْزَانَ لِيَقُوْمَ النَّاسُ بِالْقِسْطِ وَاَنْزَلْنَا
الْحَدِيْدَ فِيْهِ بَاْسٌ شَدِيْدٌ وَّمَنَافِعُ لِلنَّاسِ
وَلِيَعْلَمَ اللّٰهُ مَنْ يَّنْصُرُهٗ وَرُسُلَهٗ بِالْغَيْبِ اِنَّ
اللّٰهَ قَوِيٌّ عَزِيْزٌ ﴿٢٦﴾ ع ٣ ١٩

28. Poste Ni igis Niajn senditojn sekvi iliajn piedsignojn, kaj Ni igis Jesuon, la filon de Maria, sekvi, kaj Ni donis al li la Evangelion kaj Ni estigis en la koroj de tiuj, kiuj sekvis lin, dolĉecon kaj kompaton. La vivon monaĥan ili nur fondis – Ni ne ordonis ĝin al ili – por strebi al la plezuro de Allah; ili tamen ne sekvis ĝin laŭvere: Ni tamen donis al tiuj el ili, kiuj kredis, ilian rekompencon, sed multaj el ili estis malpiegaj.

29. Ho vi kredantoj, respektegu Allahon kaj kredu al Lia sendito. Li donos al vi duoblan porcion de Sia kompato kaj Li pretigos por vi lumon, en kiu vi iros, kaj Li pardonos al vi – Allah estas senkulpigema, pardonema –,

30. por ke ne imagu la popolo de la Skribo, ke ili neniel kapablos atingi la gracon de Allah, ĉar la graco estas en la mano de Allah, por ke Li donu ĝin, al kiu Li volas. Allah estas la Posedanto de la granda graco.

*

Fino de la 27-a parto

وَلَقَدْ أَرْسَلْنَا نُوحًا وَإِبْرٰهِيمَ وَجَعَلْنَا فِي
ذُرِّيَّتِهِمَا النُّبُوَّةَ وَالْكِتٰبَ فَمِنْهُمْ مُّهْتَدٍ وَ
كَثِيرٌ مِّنْهُمْ فٰسِقُونَ ﴿٢٦﴾
ثُمَّ قَفَّيْنَا عَلٰٓى اٰثَارِهِمْ بِرُسُلِنَا وَقَفَّيْنَا بِعِيسَى
ابْنِ مَرْيَمَ وَاٰتَيْنٰهُ الْاِنْجِيلَ وَجَعَلْنَا فِي
قُلُوبِ الَّذِينَ اتَّبَعُوهُ رَأْفَةً وَّرَحْمَةً وَرَهْبَانِيَّةَ
ابْتَدَعُوهَا مَا كَتَبْنٰهَا عَلَيْهِمْ اِلَّا ابْتِغَآءَ
رِضْوَانِ اللّٰهِ فَمَا رَعَوْهَا حَقَّ رِعَايَتِهَا فَاٰتَيْنَا
الَّذِينَ اٰمَنُوا مِنْهُمْ اَجْرَهُمْ وَكَثِيرٌ مِّنْهُمْ
فٰسِقُونَ ﴿٢٧﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِينَ اٰمَنُوا اتَّقُوا اللّٰهَ وَاٰمِنُوا بِرَسُولِهٖ
يُؤْتِكُمْ كِفْلَيْنِ مِنْ رَّحْمَتِهٖ وَيَجْعَلْ لَّكُمْ
نُورًا تَمْشُونَ بِهٖ وَيَغْفِرْ لَكُمْ وَاللّٰهُ غَفُورٌ
رَّحِيمٌ ﴿٢٨﴾
لِئَلَّا يَعْلَمَ اَهْلُ الْكِتٰبِ اَلَّا يَقْدِرُونَ عَلٰى شَيْءٍ
مِّنْ فَضْلِ اللّٰهِ وَاَنَّ الْفَضْلَ بِيَدِ اللّٰهِ يُؤْتِيهِ
مَنْ يَّشَآءُ وَاللّٰهُ ذُو الْفَضْلِ الْعَظِيمِ ﴿٢٩﴾



*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Vere Allah aŭdis la vorton de tiu virino, kiu disputis kun vi pri sia edzo kaj plendis antaŭ Allah, kaj Allah aŭdis vian interparoladon. Vere Allah estas ĉioaŭda, ĉiovida.

3. Pri tiuj, kiuj volas eksedziĝi de siaj edzinoj, nomante ilin siaj patrinoj: ili ne fariĝas ties patrinoj. Patrinoj estas nur tiuj, kiuj ilin naskis, kaj ili tiel nur eldiras vortojn, kiuj estas nekonvenaj kaj neveraj. Vere Allah estas senpekigema, senkulpigema.

4. Pri tiuj, kiuj eksedziĝas de siaj edzinoj, nomante ilian siaj patrinoj, kaj poste volas repreni tion, kion ili diris: la puno estu la liberigo de unu sklavo, antaŭ ol ili reunuiĝu. Tio estas por admoni vin. Allah bone scias, kion vi faras.

5. Por tiu tamen, kiu ne posedas sklavon: li fastu du sinsekvantajn monatojn, antaŭ ol ili reunuiĝu. Kiu tamen ne kapablas fari tion, li nutru sesdek malriĉulojn. Tio estas, por ke vi kredu je Allah kaj al Lia sendito. Tiaj estas la dekretoj de Allah kaj por la miskredantoj estos dolora puno.

6. Tiuj, kiuj kontraŭstaras Allahon kaj Lian senditon certe estos humiligitaj, kiel estis humiligitaj tiuj antaŭ ili, ĉar Ni jam sendis evidentajn signojn; kaj por la miskredantoj estos puno hontiga.

7. En la tago, en kiu Allah kunvenigos ilin ĉiujn, tiam Li anoncos al ili, kion ili faris. Allah registris tion, dum ili forgesis. Allah atestas pri ĉiuj aferoj.

---

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (1)
قَدْ سَمِعَ اللّٰهُ قَوْلَ الَّتِيْ تُجَادِلُكَ فِيْ زَوْجِهَا وَ
تَشْتَكِيْٓ اِلَى اللّٰهِ ۖ وَاللّٰهُ يَسْمَعُ تَحَاوُرَكُمَا ۭ اِنَّ اللّٰهَ
سَمِيْعٌۢ بَصِيْرٌ (2)
اَلَّذِيْنَ يُظٰهِرُوْنَ مِنْكُمْ مِّنْ نِّسَاۗىِٕهِمْ مَّا هُنَّ
اُمَّهٰتِهِمْ ۭ اِنْ اُمَّهٰتُهُمْ اِلَّا الّٰۗـِٔيْ وَلَدْنَهُمْ ۭ وَ
اِنَّهُمْ لَيَقُوْلُوْنَ مُنْكَرًا مِّنَ الْقَوْلِ وَزُوْرًا ۭ
وَاِنَّ اللّٰهَ لَعَفُوٌّ غَفُوْرٌ (3)
وَالَّذِيْنَ يُظٰهِرُوْنَ مِنْ نِّسَاۗىِٕهِمْ ثُمَّ يَعُوْدُوْنَ
لِمَا قَالُوْا فَتَحْرِيْرُ رَقَبَةٍ مِّنْ قَبْلِ اَنْ يَّتَمَاۗسَّا ۭ
ذٰلِكُمْ تُوْعَظُوْنَ بِهٖ ۭ وَاللّٰهُ بِمَا تَعْمَلُوْنَ خَبِيْرٌ (4)
فَمَنْ لَّمْ يَجِدْ فَصِيَامُ شَهْرَيْنِ مُتَتَابِعَيْنِ مِنْ
قَبْلِ اَنْ يَّتَمَاۗسَّا ۚ فَمَنْ لَّمْ يَسْتَطِعْ فَاِطْعَامُ
سِتِّيْنَ مِسْكِيْنًا ۭ ذٰلِكَ لِتُؤْمِنُوْا بِاللّٰهِ وَرَسُوْلِهٖ ۭ
وَتِلْكَ حُدُوْدُ اللّٰهِ ۭ وَلِلْكٰفِرِيْنَ عَذَابٌ اَلِيْمٌ (5)
اِنَّ الَّذِيْنَ يُحَاۗدُّوْنَ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ كُبِتُوْا كَمَا كُبِتَ
الَّذِيْنَ مِنْ قَبْلِهِمْ وَقَدْ اَنْزَلْنَآ اٰيٰتٍۢ بَيِّنٰتٍ ۭ
وَلِلْكٰفِرِيْنَ عَذَابٌ مُّهِيْنٌ (6)
يَوْمَ يَبْعَثُهُمُ اللّٰهُ جَمِيْعًا فَيُنَبِّئُهُمْ بِمَا عَمِلُوْا ۭ

8. Ĉu vi do ne vidas, ke Allah scias ĉion, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero? Ne ekzistas sekreta interparolado inter tri, je kiu Li ne estas la Kvara, nek iu inter kvin, je kiu Li ne estas la Sesa, nek inter malpli da ili aŭ pli, je kiu Li ne estas kun ili, kie ajn ili estas. Poste Li anoncos al ili, en la tago de la reviviĝo, kion ili faris. Vere Allah scias ĉion.

9. Ĉu vi do ne vidas tiujn, al kiuj estis malpermesite konspiri, kaj kiuj tamen revenis al tio, kio estis malpermesita, kaj sekrete konspiris pri peko kaj ribelemo kaj malobeemo kontraŭ la sendito? Kiam ili venas al vi, ili salutas vin per tio, per kio Allah ne salutis vin; kaj ili diras inter si mem: "Kial Allah ne punas nin pro tio, kion ni parolas? ". Por ili sufiĉas la Infero, en kiun ili eniros; malbonega estas la destino!

10. Ho vi kredantoj! Kiam vi interparolas sekrete, ne parolu pri peko kaj ribelemo kaj malobeemo kontraŭ la sendito, sed parolu pri virto kaj justeco kaj respektegu Allahon, Tiun, al kiu vi estos kunvenigitaj.

11. Sekreta interparolado devenas nur de Satano, por ke li afliktu la kredantojn, sed li neniel kapablas malutili al ili, krom se Allah permesas tion. Je Allah konfidu la kredantoj!

12. Ho vi kredantoj! Kiam estas dirite al vi en la kunveno: "Lasu trairi! ", tiam vi lasu trairi. Allah tiam ankaŭ vin lasos trairi. Kiam estas dirite: "Stariĝu! ", tiam vi stariĝu. Allah ja plialtigos je rango tiujn el vi, kiuj kredas kaj al kiuj estis donita la vera scio. Allah bone scias, kion vi faras.

13. Ho vi kredantoj, kiam vi volas konsulti sekrete la senditon, sendu antaŭ via sekreta konsulto almozojn. Tio estas pli bona kaj virta por vi. Se vi tamen nenion trovas, tiam sciu, ke Allah vere estas senkulpigema, pardonema.

ع أَحْصَاهُ اللَّهُ وَنَسُوهُ ۚ وَاللَّهُ عَلَىٰ كُلِّ شَيْءٍ شَهِيدٌ ﴿٧﴾
أَلَمْ تَرَ أَنَّ اللَّهَ يَعْلَمُ مَا فِي السَّمَاوَاتِ وَمَا فِي الْأَرْضِ ۖ
مَا يَكُونُ مِن نَّجْوَىٰ ثَلَاثَةٍ إِلَّا هُوَ رَابِعُهُمْ وَلَا
خَمْسَةٍ إِلَّا هُوَ سَادِسُهُمْ وَلَا أَدْنَىٰ مِن ذَٰلِكَ
وَلَا أَكْثَرَ إِلَّا هُوَ مَعَهُمْ أَيْنَ مَا كَانُوا ۖ ثُمَّ
يُنَبِّئُهُم بِمَا عَمِلُوا يَوْمَ الْقِيَامَةِ ۚ إِنَّ اللَّهَ بِكُلِّ
شَيْءٍ عَلِيمٌ ﴿٨﴾
أَلَمْ تَرَ إِلَى الَّذِينَ نُهُوا عَنِ النَّجْوَىٰ ثُمَّ يَعُودُونَ
لِمَا نُهُوا عَنْهُ وَيَتَنَاجَوْنَ بِالْإِثْمِ وَالْعُدْوَانِ
وَمَعْصِيَتِ الرَّسُولِ وَإِذَا جَاءُوكَ حَيَّوْكَ بِمَا
لَمْ يُحَيِّكَ بِهِ اللَّهُ وَيَقُولُونَ فِي أَنفُسِهِمْ لَوْلَا
يُعَذِّبُنَا اللَّهُ بِمَا نَقُولُ ۚ حَسْبُهُمْ جَهَنَّمُ يَصْلَوْنَهَا ۖ
فَبِئْسَ الْمَصِيرُ ﴿٩﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا إِذَا تَنَاجَيْتُمْ فَلَا تَتَنَاجَوْا
بِالْإِثْمِ وَالْعُدْوَانِ وَمَعْصِيَتِ الرَّسُولِ وَتَنَاجَوْا
بِالْبِرِّ وَالتَّقْوَىٰ ۖ وَاتَّقُوا اللَّهَ الَّذِي إِلَيْهِ تُحْشَرُونَ ﴿١٠﴾
إِنَّمَا النَّجْوَىٰ مِنَ الشَّيْطَانِ لِيَحْزُنَ الَّذِينَ آمَنُوا
وَلَيْسَ بِضَارِّهِمْ شَيْئًا إِلَّا بِإِذْنِ اللَّهِ ۚ وَعَلَى اللَّهِ
فَلْيَتَوَكَّلِ الْمُؤْمِنُونَ ﴿١١﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا إِذَا قِيلَ لَكُمْ تَفَسَّحُوا فِي
الْمَجَالِسِ فَافْسَحُوا يَفْسَحِ اللَّهُ لَكُمْ ۖ وَإِذَا قِيلَ

14. Ĉu vi ĉagreniĝas, ĉar vi devas sendi almozojn antaŭ via sekreta konsulto? Nu, se vi tion ne faras, sed Allah turnas Sin al vi kompateme, tiam levu la preĝon kaj almozdonu kaj obeu Allahon kaj Lian senditon. Allah bone scias, kion vi faras.

انْشُزُوْا فَانْشُزُوْا يَرْفَعِ اللّٰهُ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا مِنْكُمْ
وَالَّذِيْنَ اُوْتُوا الْعِلْمَ دَرَجٰتٍ ۗ وَاللّٰهُ بِمَا تَعْمَلُوْنَ
خَبِيْرٌ (١١)
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْۤا اِذَا نَاجَيْتُمُ الرَّسُوْلَ فَقَدِّمُوْا
بَيْنَ يَدَيْ نَجْوٰىكُمْ صَدَقَةً ۗ ذٰلِكَ خَيْرٌ لَّكُمْ
وَاَطْهَرُ ۗ فَاِنْ لَّمْ تَجِدُوْا فَاِنَّ اللّٰهَ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ (١٢)
ءَاَشْفَقْتُمْ اَنْ تُقَدِّمُوْا بَيْنَ يَدَيْ نَجْوٰىكُمْ
صَدَقٰتٍ ۗ فَاِذْ لَمْ تَفْعَلُوْا وَتَابَ اللّٰهُ عَلَيْكُمْ
فَاَقِيْمُوا الصَّلٰوةَ وَاٰتُوا الزَّكٰوةَ وَاَطِيْعُوا اللّٰهَ وَ
رَسُوْلَهٗ ۗ وَاللّٰهُ خَبِيْرٌ ۢ بِمَا تَعْمَلُوْنَ (١٣)

15. Ĉu vi do ne vidis tiujn, kiuj amikiĝis kun popolo, kontraŭ kiu Allah koleris? Ili ne apartenas al vi nek al ili, kaj ili ĵuras mensogon, kvankam ili scias.

16. Por ili Allah pretigis severan punon. Vere malbonega estas tio, kion ili faras!

اَلَمْ تَرَ اِلَى الَّذِيْنَ تَوَلَّوْا قَوْمًا غَضِبَ اللّٰهُ عَلَيْهِمْ ۗ
مَا هُمْ مِّنْكُمْ وَلَا مِنْهُمْ ۙ وَيَحْلِفُوْنَ عَلَى الْكَذِبِ
وَهُمْ يَعْلَمُوْنَ (١٤)
اَعَدَّ اللّٰهُ لَهُمْ عَذَابًا شَدِيْدًا ۗ اِنَّهُمْ سَآءَ مَا
كَانُوْا يَعْمَلُوْنَ (١٥)

17. Ili faris siajn ĵurojn ŝildo por siaj malbonaj faroj, kaj devojigas de la afero de Allah, kaj por ili estos puno hontiga.

اِتَّخَذُوْۤا اَيْمَانَهُمْ جُنَّةً فَصَدُّوْا عَنْ سَبِيْلِ
اللّٰهِ فَلَهُمْ عَذَابٌ مُّهِيْنٌ (١٦)

18. Al ili neniom utilos iliaj propraĵoj nek iliaj filoj kontraŭ Allah. Estos ili la loĝantoj de l' fajro, en kiu ili restos por ĉiam.

لَنْ تُغْنِيَ عَنْهُمْ اَمْوَالُهُمْ وَلَاۤ اَوْلَادُهُمْ مِّنَ
اللّٰهِ شَيْـًٔا ۗ اُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ النَّارِ ۗ هُمْ فِيْهَا خٰلِدُوْنَ (١٧)

19. En la tago, en kiu Allah kunvenigos ilin ĉiujn, kaj ili ĵuros al Li, kiel ili ĵuris al vi, kaj ili imagos, ke ili staras sur io firma. Aŭskultu! Estas certe ili tiuj, kiuj estas la mensoguloj!

20. Satano atingis senliman povon super ili, kaj igis ilin forgesi la admonon de Allah. Ili estas la partio de Satano. Aŭskultu! Vere la partio de Satano estas la partio de la malgajnontoj.

يَوْمَ يَبْعَثُهُمُ اللّٰهُ جَمِيْعًا فَيَحْلِفُوْنَ لَهٗ كَمَا
يَحْلِفُوْنَ لَكُمْ وَيَحْسَبُوْنَ اَنَّهُمْ عَلٰى شَيْءٍ ۗ اَلَاۤ
اِنَّهُمْ هُمُ الْكٰذِبُوْنَ (١٨)

21. Vere kiuj kontraŭstaras Allahon kaj Lian senditon, tiuj estos la malsupereguloj.

22. Allah ordonis: ”Mi certe venkos, Mi kaj Miaj senditoj”. Vere Allah estas fortega, ĉiopova.

23. Vi ne trovos popolon, kiu kredas je Allah kaj al la tago de la lasta Juĝo kaj samtempe amas tiujn, kiuj kontraŭstaras Allahon kaj Lian senditon, eĉ se tiuj ĉi estas iliaj patroj aŭ iliaj filoj aŭ iliaj fratoj aŭ iliaj parencoj. Estas ili tiuj, en kies korojn Li enskribis la kredon, kaj kiujn Li plifortigis per Sia spirito. Li enirigos ilin en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, por ke ili restu tie por ĉiam. Allah estos kontenta pri ili, kaj ili estos kontentaj pri Li. Ili estos la partio de Allah. Aŭskultu! Vere la partio de Allah estos la partio de la prosperuloj.

اِسْتَحْوَذَ عَلَيْهِمُ الشَّيْطٰنُ فَاَنْسٰهُمْ ذِكْرَ اللّٰهِ ۗ
اُولٰٓئِكَ حِزْبُ الشَّيْطٰنِ ۗ اَلَآ اِنَّ حِزْبَ الشَّيْطٰنِ
هُمُ الْخٰسِرُوْنَ ﴿۲۰﴾
اِنَّ الَّذِيْنَ يُحَآدُّوْنَ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗٓ اُولٰٓئِكَ فِي
الْاَذَلِّيْنَ ﴿۲۱﴾
كَتَبَ اللّٰهُ لَاَغْلِبَنَّ اَنَا وَرُسُلِيْ ۗ اِنَّ اللّٰهَ قَوِيٌّ
عَزِيْزٌ ﴿۲۲﴾
لَا تَجِدُ قَوْمًا يُّؤْمِنُوْنَ بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ الْاٰخِرِ
يُوَآدُّوْنَ مَنْ حَآدَّ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ وَلَوْ كَانُوْٓا اٰبَآءَهُمْ
اَوْ اَبْنَآءَهُمْ اَوْ اِخْوَانَهُمْ اَوْ عَشِيْرَتَهُمْ ۗ اُولٰٓئِكَ
كَتَبَ فِيْ قُلُوْبِهِمُ الْاِيْمَانَ وَاَيَّدَهُمْ بِرُوْحٍ
مِّنْهُ ۗ وَيُدْخِلُهُمْ جَنّٰتٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا
الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ۗ رَضِيَ اللّٰهُ عَنْهُمْ وَرَضُوْا
عَنْهُ ۗ اُولٰٓئِكَ حِزْبُ اللّٰهِ ۗ اَلَآ اِنَّ حِزْبَ اللّٰهِ هُمُ
الْمُفْلِحُوْنَ ﴿۲۳﴾ ع




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Gloregas Allahon ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

3. Estas Li Tiu, kiu forpelis el iliaj domoj tiujn el la popolo de la Skribo, kiuj nekredis, je la unua proklamo.* Vi ne kredis, ke ili eliros kaj ili mem kredis, ke la fortikaĵoj protektos ilin kontraŭ Allah: Allah tamen venis super ilin, de kie ili ne supozis, kaj Li ĵetis teruron en iliajn korojn, tiel ke ili detruis siajn domojn per siaj propraj manoj kaj per la manoj de la kredantoj. Tial eltiru de ĝi instruon por vi, ho vidantoj.

4. Se ne estus, ke Allah ordonis por ili la ekzilon, Li estus puninta ilin en ĉi tiu vivo; por ili estos en la vivo venonta la turmento de l' fajro.

5. Tio estas, ĉar ili kontraŭstaris Allahon kaj Lian senditon. Tiu, kiu kontraŭstaras Allahon – vere Allah estas severa je l' puno!

6. Kiujn ajn palmojn vi detranĉis aŭ lasis stari sur siaj radikoj, vi tion faris kun la permeso de Allah, por ke Li konfuzu la malpiegulojn,

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
سَبَّحَ لِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ ۚ وَهُوَ
الْعَزِيْزُ الْحَكِيْمُ (٢)
هُوَ الَّذِيْٓ اَخْرَجَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا مِنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ
مِنْ دِيَارِهِمْ لِاَوَّلِ الْحَشْرِ ؕ مَا ظَنَنْتُمْ اَنْ يَّخْرُجُوْا
وَظَنُّوْٓا اَنَّهُمْ مَّانِعَتُهُمْ حُصُوْنُهُمْ مِّنَ اللّٰهِ فَاَتٰىهُمُ
اللّٰهُ مِنْ حَيْثُ لَمْ يَحْتَسِبُوْا ۗ وَقَذَفَ فِيْ قُلُوْبِهِمُ
الرُّعْبَ يُخْرِبُوْنَ بُيُوْتَهُمْ بِاَيْدِيْهِمْ وَاَيْدِي
الْمُؤْمِنِيْنَ ۗ فَاعْتَبِرُوْا يٰٓاُولِي الْاَبْصَارِ (٣)
وَلَوْلَآ اَنْ كَتَبَ اللّٰهُ عَلَيْهِمُ الْجَلَآءَ لَعَذَّبَهُمْ فِي
الدُّنْيَا ۗ وَلَهُمْ فِي الْاٰخِرَةِ عَذَابُ النَّارِ (٤)
ذٰلِكَ بِاَنَّهُمْ شَآقُّوا اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ ۚ وَمَنْ يُّشَآقِّ
اللّٰهَ فَاِنَّ اللّٰهَ شَدِيْدُ الْعِقَابِ (٥)
مَا قَطَعْتُمْ مِّنْ لِّيْنَةٍ اَوْ تَرَكْتُمُوْهَا قَآئِمَةً عَلٰٓى
اُصُوْلِهَا فَبِاِذْنِ اللّٰهِ وَلِيُخْزِيَ الْفٰسِقِيْنَ (٦)
وَمَآ اَفَآءَ اللّٰهُ عَلٰى رَسُوْلِهٖ مِنْهُمْ فَمَآ اَوْجَفْتُمْ
عَلَيْهِ مِنْ خَيْلٍ وَّلَا رِكَابٍ وَّلٰكِنَّ اللّٰهَ يُسَلِّطُ
رُسُلَهٗ عَلٰى مَنْ يَّشَآءُ ۗ وَاللّٰهُ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ (٧)

---

* Laŭlitere (Haŝr): kunveno. Temas pri la kolektado kaj sekve pri la ekzil-proklamo de la judoj de la tribo Banī-Nadīr (625 = H.J. 4a), kiuj rompis la aliancon kun la Profeto post la malvenko de la Islamanoj apud Uhud.

7. kaj kion ajn Allah donis al Sia sendito el la batalakiraĵo de ili, vi liveris por ĝi nek ĉevalon nek kamelon; Allah tamen donas povon al Siaj senditoj, super kiu Li volas. Allah havas povon super ĉiuj aferoj.

8. Kion ajn Allah donis al Sia sendito el kaptaĵo de la loĝantoj de la urboj, tio estas por Allah kaj por la sendito kaj por la proksimaj parencoj kaj la orfoj kaj la malriĉuloj kaj la vojiranto, por ke ĝi ne apartenu laŭvice nur al la riĉuloj el vi. Kion la sendito donas al vi, tion vi prenu, kaj kion li malpermesas al vi, tion vi evitu, kaj respektegu Allahon. Vere Allah estas severa je l' puno.

مَآ اَفَآءَ اللّٰهُ عَلٰى رَسُوْلِهٖ مِنْ اَهْلِ الْقُرٰى فَلِلّٰهِ
وَلِلرَّسُوْلِ وَلِذِى الْقُرْبٰى وَالْيَتٰمٰى وَالْمَسٰكِيْنِ
وَابْنِ السَّبِيْلِ كَىْ لَا يَكُوْنَ دُوْلَةًۢ بَيْنَ الْاَغْنِيَآءِ
مِنْكُمْ ؕ وَمَآ اٰتٰىكُمُ الرَّسُوْلُ فَخُذُوْهُ ۚ وَمَا نَهٰىكُمْ
عَنْهُ فَانْتَهُوْا ۚ وَاتَّقُوا اللّٰهَ ؕ اِنَّ اللّٰهَ شَدِيْدُ الْعِقَابِ ۘ ﴿٨﴾

9. Tio estas por la ekzilitoj, kiuj elmigris el siaj domoj kaj el siaj bienoj, ĉar ili strebis al la graco de Allah kaj al Lia plezuro, kaj subtenis la aferon de Allah kaj de Lia sendito. Estas ili tiuj, kiuj estas veramaj.

لِلْفُقَرَآءِ الْمُهٰجِرِيْنَ الَّذِيْنَ اُخْرِجُوْا مِنْ دِيَارِهِمْ
وَاَمْوَالِهِمْ يَبْتَغُوْنَ فَضْلًا مِّنَ اللّٰهِ وَرِضْوَانًا
وَّيَنْصُرُوْنَ اللّٰهَ وَرَسُوْلَهٗ ؕ اُولٰٓئِكَ هُمُ الصّٰدِقُوْنَ ۚ ﴿٩﴾

10. Tiuj, kiuj loĝis antaŭ ili en la domo kaj posedis la kredon, amas tiujn, kiuj serĉas rifuĝon ĉe ili, kaj ne trovas en siaj brustoj iun ajn deziron de tio, kio estis donita al ili, sed ĝojas vidi la rifuĝintojn preferitaj al si mem, kvankam ili estas en malabundo. Tiu, kiu estas malproksima de la avareco, vere estos prosperulo.

وَالَّذِيْنَ تَبَوَّؤُ الدَّارَ وَالْاِيْمَانَ مِنْ قَبْلِهِمْ يُحِبُّوْنَ
مَنْ هَاجَرَ اِلَيْهِمْ وَلَا يَجِدُوْنَ فِىْ صُدُوْرِهِمْ
حَاجَةً مِّمَّآ اُوْتُوْا وَيُؤْثِرُوْنَ عَلٰٓى اَنْفُسِهِمْ وَلَوْ
كَانَ بِهِمْ خَصَاصَةٌ ؕ وَمَنْ يُّوْقَ شُحَّ نَفْسِهٖ
فَاُولٰٓئِكَ هُمُ الْمُفْلِحُوْنَ ۚ ﴿١٠﴾

11. Tiuj, kiuj venis kaj poste diras: "Nia Sinjoro, pardonu al ni kaj al niaj fratoj, kiuj nin antaŭiris je la kredo, kaj ne estigu en niaj koroj malamon kontraŭ la kredantoj. Nia Sinjoro! Vi vere estas malsevera, pardonema".

وَالَّذِيْنَ جَآءُوْ مِنْۢ بَعْدِهِمْ يَقُوْلُوْنَ رَبَّنَا اغْفِرْ
لَنَا وَلِاِخْوَانِنَا الَّذِيْنَ سَبَقُوْنَا بِالْاِيْمَانِ وَلَا
تَجْعَلْ فِىْ قُلُوْبِنَا غِلًّا لِّلَّذِيْنَ اٰمَنُوْا رَبَّنَآ اِنَّكَ
رَءُوْفٌ رَّحِيْمٌ ﴿١١﴾ ع

12. Ĉu vi ne vidis la hipokritulojn? Ili diras al tiuj el siaj fratoj, kiuj nekredas, el la popolo de la Skribo: "Se vi estos ekzilitaj, ni certe ankaŭ elmigros kun vi, kaj ni neniam obeos iun ajn kontraŭ vi. Se vi estas atakitaj, ni certe helpos vin". Allah estas atestanto, ke ili certe estas mensoguloj.

اَلَمْ تَرَ اِلَى الَّذِيْنَ نَافَقُوْا يَقُوْلُوْنَ لِاِخْوَانِهِمُ الَّذِيْنَ
كَفَرُوْا مِنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ لَئِنْ اُخْرِجْتُمْ لَنَخْرُجَنَّ
مَعَكُمْ وَلَا نُطِيْعُ فِيْكُمْ اَحَدًا اَبَدًا ۙ وَّاِنْ قُوْتِلْتُمْ
لَنَنْصُرَنَّكُمْ ؕ وَاللّٰهُ يَشْهَدُ اِنَّهُمْ لَكٰذِبُوْنَ ﴿١٢﴾
لَئِنْ اُخْرِجُوْا لَا يَخْرُجُوْنَ مَعَهُمْ ۚ وَلَئِنْ قُوْتِلُوْا

13. Kiam tiuj estas ekzilitaj, ili ne elmigras kun ili, kaj, kiam tiuj estas atakitaj, ili ne helpas ilin, kaj, eĉ se ili helpus ilin, ili certe turnus siajn dorsojn; poste ili mem tamen ne trovos helpon.

14. Vere ili havas en siaj koroj pli grandan timon de vi ol de Allah. Tio estas, ĉar ili estas popolo nekomprenema.

15. Ili ne batalus kontraŭ vi – eĉ se ili estus ĉiuj kune – krom en fortikigitaj urboj aŭ malantaŭ muregoj, kvankam iliaj heroaĵoj estas grandaj en iliaj rakontoj. Vi opiniis ilin unuiĝo, sed iliaj koroj estas dividitaj. Tio, ĉar ili estas popolo nekomprenema,

16. kiel tiuj, kiuj antaŭ ili gustumis la sekvojn de sia agado. Por ili estos dolora puno.

17. Kiel Satano, kiam li diras al la homoj: "Estu miskredantaj! ". Kiam ili tamen estas miskredantaj, li diras: "Mi nenion havas por fari kun vi, ĉar mi vere timas Allahon, la Sinjoron de l' Universo".

18. La fino de ambaŭ estos, ke ambaŭ estos en la fajro kaj tie restos por ĉiam. Tio estos la rekompenco de la malpieguloj.

19. Ho vi kredantoj! Respektegu Allahon; ĉiu animo rigardu tion, kion ĝi antaŭsendas por morgaŭ, kaj respektegu Allahon. Vere Allah bone scias, kion vi faras.

20. Vi ne estu kiel tiuj, kiuj forgesis Allahon kaj kiujn Li igis forgesi ilian propran animon. Tiuj estas la malpieguloj.

21. Ne estos similaj unu al la alia la loĝantoj de la fajro kaj la loĝantoj de la Paradizo. Estos la loĝantoj de la Paradizo tiuj, kiuj estos feliĉaj.

22. Se Ni estus sendinta ĉi tiun Koranon sur iun monton, vi estus vidinta ĝin humiliĝi kaj fendiĝi pro timo de Allah. Tiujn

لَا يَنْصُرُونَهُمْ ۚ وَلَئِنْ نَصَرُوهُمْ لَيُوَلُّنَّ الْأَدْبَارَ
ثُمَّ لَا يُنْصَرُونَ ﴿١٣﴾
لَأَنْتُمْ أَشَدُّ رَهْبَةً فِي صُدُورِهِمْ مِنَ اللَّهِ ۚ ذَٰلِكَ
بِأَنَّهُمْ قَوْمٌ لَا يَفْقَهُونَ ﴿١٤﴾
لَا يُقَاتِلُونَكُمْ جَمِيعًا إِلَّا فِي قُرًى مُحَصَّنَةٍ أَوْ
مِنْ وَرَاءِ جُدُرٍ ۚ بَأْسُهُمْ بَيْنَهُمْ شَدِيدٌ ۚ تَحْسَبُهُمْ
جَمِيعًا وَقُلُوبُهُمْ شَتَّىٰ ۚ ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمْ قَوْمٌ لَا يَعْقِلُونَ ﴿١٥﴾
كَمَثَلِ الَّذِينَ مِنْ قَبْلِهِمْ قَرِيبًا ۖ ذَاقُوا وَبَالَ أَمْرِهِمْ
وَلَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١٦﴾
كَمَثَلِ الشَّيْطَانِ إِذْ قَالَ لِلْإِنْسَانِ اكْفُرْ فَلَمَّا كَفَرَ
قَالَ إِنِّي بَرِيءٌ مِنْكَ إِنِّي أَخَافُ اللَّهَ رَبَّ الْعَالَمِينَ ﴿١٧﴾
فَكَانَ عَاقِبَتَهُمَا أَنَّهُمَا فِي النَّارِ خَالِدَيْنِ فِيهَا ۚ وَ
ذَٰلِكَ جَزَاءُ الظَّالِمِينَ ﴿١٨﴾
يَا أَيُّهَا الَّذِينَ آمَنُوا اتَّقُوا اللَّهَ وَلْتَنْظُرْ نَفْسٌ مَا قَدَّمَتْ
لِغَدٍ ۖ وَاتَّقُوا اللَّهَ ۚ إِنَّ اللَّهَ خَبِيرٌ بِمَا تَعْمَلُونَ ﴿١٩﴾
وَلَا تَكُونُوا كَالَّذِينَ نَسُوا اللَّهَ فَأَنْسَاهُمْ أَنْفُسَهُمْ ۚ
أُولَٰئِكَ هُمُ الْفَاسِقُونَ ﴿٢٠﴾
لَا يَسْتَوِي أَصْحَابُ النَّارِ وَأَصْحَابُ الْجَنَّةِ ۚ أَصْحَابُ
الْجَنَّةِ هُمُ الْفَائِزُونَ ﴿٢١﴾
لَوْ أَنْزَلْنَا هَٰذَا الْقُرْآنَ عَلَىٰ جَبَلٍ لَرَأَيْتَهُ خَاشِعًا
مُتَصَدِّعًا مِنْ خَشْيَةِ اللَّهِ ۚ وَتِلْكَ الْأَمْثَالُ
نَضْرِبُهَا لِلنَّاسِ لَعَلَّهُمْ يَتَفَكَّرُونَ ﴿٢٢﴾

similaĵojn Ni estigas por la homoj, por ke ili pripensu.

23. Li estas Allah, Tiu, krom kiu ne ekzistas alia Dio, la Scianto de la Nevideblaĵoj kaj de la Videblaĵoj. Li estas la Donema, la Pardonema.

24. Li estas Allah, Tiu, krom kiu ne ekzistas Dio, la Reĝo, la Sankta, la Sinjoro de la Paco, la Fidela, la Gardanta, la Ĉiopova, la Suverena, la Grandega. Sankta estas Allah, eminenta super ĉio, kion ili aldonas al Li kiel rivalojn!

25. Li estas Allah, la Kreinto, la Forminto, la Estiginto. Al Li apartenas la plej belaj nomoj. Laŭdegas Lin ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

هُوَ اللّٰهُ الَّذِىْ لَآ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ ۚ عٰلِمُ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ
هُوَ الرَّحْمٰنُ الرَّحِيْمُ ﴿٢٣﴾
هُوَ اللّٰهُ الَّذِىْ لَآ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ ۚ اَلْمَلِكُ الْقُدُّوْسُ
السَّلٰمُ الْمُؤْمِنُ الْمُهَيْمِنُ الْعَزِيْزُ الْجَبَّارُ الْمُتَكَبِّرُ ۗ
سُبْحٰنَ اللّٰهِ عَمَّا يُشْرِكُوْنَ ﴿٢٤﴾
هُوَ اللّٰهُ الْخَالِقُ الْبَارِئُ الْمُصَوِّرُ لَهُ الْاَسْمَآءُ الْحُسْنٰى ۭ
يُسَبِّحُ لَهٗ مَا فِى السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ ۚ وَهُوَ الْعَزِيْزُ
الْحَكِيْمُ ﴿٢٥﴾ ع

Ĉapitro 60 **Al-Mumtahana** (La virino elprovita)* 28-a parto



*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho vi kredantoj! Ne prenu kiel amikojn Mian malamikon kaj vian malamikon, oferante al ili korinklinon, kvankam ili ne kredas je la vero, kiu venis al vi, kaj male forpelas la senditon kaj vin mem, ĉar vi kredas je Allah, via Sinjoro. Dum vi eliras al la batalo por Mia afero kaj al la strebado por Mia plezuro, vi kaŝe montras al ili korinklinon. Mi ja scias, kion vi kaŝas kaj kion vi malkaŝas. Kiu tamen el vi tion faras, certe tiu devojiĝis de la ebena vojo.

3. Se ili venkos vin, ili kondutos kontraŭ vi kiel malamikoj kaj streĉos siajn manojn kaj siajn langojn, celante la malbonon, kontraŭ vi, kaj ili deziregos, ke ankaŭ vi nekredu.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تَتَّخِذُوْا عَدُوِّىْ وَعَدُوَّكُمْ
اَوْلِيَآءَ تُلْقُوْنَ اِلَيْهِمْ بِالْمَوَدَّةِ وَقَدْ كَفَرُوْا بِمَا
جَآءَكُمْ مِّنَ الْحَقِّ ۚ يُخْرِجُوْنَ الرَّسُوْلَ وَاِيَّاكُمْ اَنْ
تُؤْمِنُوْا بِاللّٰهِ رَبِّكُمْ ۭ اِنْ كُنْتُمْ خَرَجْتُمْ جِهَادًا
فِىْ سَبِيْلِىْ وَابْتِغَآءَ مَرْضَاتِىْ ۖ تُسِرُّوْنَ اِلَيْهِمْ
بِالْمَوَدَّةِ ۖ وَاَنَا اَعْلَمُ بِمَآ اَخْفَيْتُمْ وَمَآ اَعْلَنْتُمْ ۭ
وَمَنْ يَّفْعَلْهُ مِنْكُمْ فَقَدْ ضَلَّ سَوَآءَ السَّبِيْلِ ﴿٢﴾
اِنْ يَّثْقَفُوْكُمْ يَكُوْنُوْا لَكُمْ اَعْدَآءً وَّيَبْسُطُوْٓا اِلَيْكُمْ
اَيْدِيَهُمْ وَاَلْسِنَتَهُمْ بِالسُّوْٓءِ وَوَدُّوْا لَوْ
تَكْفُرُوْنَ ﴿٣﴾

* v. la verson 11an

4. Nenio utilos al vi en la tago de la reviviĝo, nek viaj rilatoj de samsangeco nek viaj filoj. Li juĝos inter vi. Allah bone vidas, kion vi faras.

لَنْ تَنْفَعَكُمْ أَرْحَامُكُمْ وَلَا أَوْلَادُكُمْ ۚ يَوْمَ الْقِيَامَةِ
يَفْصِلُ بَيْنَكُمْ ۚ وَاللَّهُ بِمَا تَعْمَلُونَ بَصِيرٌ ٣

5. Vere vi havas bonegan ekzemplon en Abraham kaj en tiuj, kiuj estis kun li, kiam ili diris al sia popolo: "Ni nenion havas komunan kun vi nek kun tiuj, kiujn vi adoras anstataŭ Allahon. Ni repuŝas vin kaj jen, inter ni kaj vi estiĝis por ĉiam malamikeco kaj malamo, ĝis vi kredos je Allah kaj nur je Li". Krom nur la vorto de Abraham al sia patro: "Mi certe petos pardonon por vi, kvankam mi ne havas la povon por atingi ion ajn por vi ĉe Allah". Kune ili diris: "Nia Sinjoro, je Vi ni konfidas kaj al Vi ni turnas nin en pento, kaj al Vi estas nia fina reveno.

قَدْ كَانَتْ لَكُمْ أُسْوَةٌ حَسَنَةٌ فِي إِبْرَاهِيمَ وَالَّذِينَ
مَعَهُ ۚ إِذْ قَالُوا لِقَوْمِهِمْ إِنَّا بُرَآءُ مِنْكُمْ وَمِمَّا
تَعْبُدُونَ مِنْ دُونِ اللَّهِ كَفَرْنَا بِكُمْ وَبَدَا بَيْنَنَا
وَبَيْنَكُمُ الْعَدَاوَةُ وَالْبَغْضَاءُ أَبَدًا حَتَّىٰ تُؤْمِنُوا
بِاللَّهِ وَحْدَهُ إِلَّا قَوْلَ إِبْرَاهِيمَ لِأَبِيهِ لَأَسْتَغْفِرَنَّ
لَكَ وَمَا أَمْلِكُ لَكَ مِنَ اللَّهِ مِنْ شَيْءٍ ۖ رَبَّنَا عَلَيْكَ
تَوَكَّلْنَا وَإِلَيْكَ أَنَبْنَا وَإِلَيْكَ الْمَصِيرُ ٤

6. Nia Sinjoro, ne faru nin viktimoj por la miskredantoj, sed pardonu al ni, nia Sinjoro, ĉar Vi sola estas la Ĉiopova, la Saĝa".

رَبَّنَا لَا تَجْعَلْنَا فِتْنَةً لِلَّذِينَ كَفَرُوا وَاغْفِرْ لَنَا
رَبَّنَا ۖ إِنَّكَ أَنْتَ الْعَزِيزُ الْحَكِيمُ ٥

7. Vere vi havas en ili belegan ekzemplon, ĉiu el vi, kiu respektegas Allahon kaj timas la lastan Tagon. Kiu tamen turnas sin for, tiu sciu: vere Allah estas la Memsufiĉa, la Laŭdegenda.

لَقَدْ كَانَ لَكُمْ فِيهِمْ أُسْوَةٌ حَسَنَةٌ لِمَنْ كَانَ
يَرْجُو اللَّهَ وَالْيَوْمَ الْآخِرَ ۚ وَمَنْ يَتَوَلَّ فَإِنَّ اللَّهَ
ع هُوَ الْغَنِيُّ الْحَمِيدُ ٦

8. Eble Allah estigos korinklinon inter vi kaj tiuj el ili, kontraŭ kiuj vi estas malamikaj. Allah estas potenca kaj Allah estas senkulpigema, pardonema.

عَسَى اللَّهُ أَنْ يَجْعَلَ بَيْنَكُمْ وَبَيْنَ الَّذِينَ عَادَيْتُمْ
مِنْهُمْ مَوَدَّةً ۚ وَاللَّهُ قَدِيرٌ ۚ وَاللَّهُ غَفُورٌ رَحِيمٌ ٧

9. Allah ne malpermesas al vi konduti afable kaj juste kontraŭ tiuj, kiuj ne batalis kontraŭ vi pro la kredo, nek forpelis vin de viaj hejmoj. Vere Allah amas la egalanimajn.

لَا يَنْهَاكُمُ اللَّهُ عَنِ الَّذِينَ لَمْ يُقَاتِلُوكُمْ فِي
الدِّينِ وَلَمْ يُخْرِجُوكُمْ مِنْ دِيَارِكُمْ أَنْ تَبَرُّوهُمْ
وَتُقْسِطُوا إِلَيْهِمْ ۚ إِنَّ اللَّهَ يُحِبُّ الْمُقْسِطِينَ ٨

10. Allah nur malpermesas al vi amikiĝi kun tiuj, kiuj batalis kontraŭ vi pro la kredo kaj forpelis vin de viaj hejmoj, kaj kun tiuj, kiuj helpis forpeli vin, ĉar tiu, kiu amikiĝas kun ili, estas malpiegulo.

إِنَّمَا يَنْهَاكُمُ اللَّهُ عَنِ الَّذِينَ قَاتَلُوكُمْ فِي الدِّينِ
وَأَخْرَجُوكُمْ مِنْ دِيَارِكُمْ وَظَاهَرُوا عَلَىٰ إِخْرَاجِكُمْ
أَنْ تَوَلَّوْهُمْ ۚ وَمَنْ يَتَوَلَّهُمْ فَأُولَٰئِكَ هُمُ الظَّالِمُونَ ٩

11. Ho vi kredantoj! Kiam venas al vi kredantaj virinoj kiel rifuĝantinoj, elprovu

ilin. Allah konas bone ilian kredon. Se vi tiam konstatas, ke ili vere estas kredantinoj, vi ne resendu ilin al la miskredantoj. Tiuj virinoj ne estas permesataj al ili, kaj ili ne estas permesataj al tiuj virinoj. Vi tamen repagu al ili tion, kion ili elspezis. Por vi tiam ne estas peko edziĝi kun ili, post kiam vi donis al ili ilian doton. Ne tenu vin tamen en rilato kun la miskredantinoj, sed repostulu, kion vi elspezis, kaj lasu la miskredantojn repostuli, kion ili elspezis. Tio estas la dekreto de Allah. Li juĝas inter vi. Allah estas ĉioscia, saĝa.

12. Se iu el viaj virinoj foriras al la miskredantoj, kiam vi faros kaptaĵon ĉe ĉi tiuj, vi donu al tiuj, kies virinoj foriris, la samon, kion ili elspezis por siaj virinoj. Respektegu Allahon, je kiu vi kredas.

13. Ho vi Profeto! Se venas al vi kredantinoj kaj ĵuras, ke ili nenion aldonos al Allah kiel rivalon, kaj ne ŝtelos, kaj ne adultos, kaj ne mortigos siajn infanojn, kaj ne diros kalumniojn, kiujn ili mem elpensis antaŭmeditante, kaj ne malobeos vin je tio, kio estas justa, tiam akceptu ilian ĵuron kaj petu de Allah pardonon por ili. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

14. Ho vi kredantoj! Ne amikiĝu kun popolo, kontraŭ kiu Allah koleris, ili vere malesperas je la vivo venonta, kiel la miskredantoj malesperas je tiuj, kiuj estas en la tomboj.

يَٰٓأَيُّهَا ٱلَّذِينَ ءَامَنُوٓا۟ إِذَا جَآءَكُمُ ٱلْمُؤْمِنَٰتُ مُهَٰجِرَٰتٍ
فَٱمْتَحِنُوهُنَّ ٱللَّهُ أَعْلَمُ بِإِيمَٰنِهِنَّ فَإِنْ عَلِمْتُمُوهُنَّ
مُؤْمِنَٰتٍ فَلَا تَرْجِعُوهُنَّ إِلَى ٱلْكُفَّارِ لَا هُنَّ حِلٌّ
لَّهُمْ وَلَا هُمْ يَحِلُّونَ لَهُنَّ وَءَاتُوهُم مَّآ أَنفَقُوا۟
وَلَا جُنَاحَ عَلَيْكُمْ أَن تَنكِحُوهُنَّ إِذَآ ءَاتَيْتُمُوهُنَّ
أُجُورَهُنَّ وَلَا تُمْسِكُوا۟ بِعِصَمِ ٱلْكَوَافِرِ وَسْـَٔلُوا۟
مَآ أَنفَقْتُمْ وَلْيَسْـَٔلُوا۟ مَآ أَنفَقُوا۟ ذَٰلِكُمْ حُكْمُ ٱللَّهِ
يَحْكُمُ بَيْنَكُمْ وَٱللَّهُ عَلِيمٌ حَكِيمٌ ﴿١١﴾
وَإِن فَاتَكُمْ شَىْءٌ مِّنْ أَزْوَٰجِكُمْ إِلَى ٱلْكُفَّارِ
فَعَاقَبْتُمْ فَـَٔاتُوا۟ ٱلَّذِينَ ذَهَبَتْ أَزْوَٰجُهُم مِّثْلَ
مَآ أَنفَقُوا۟ وَٱتَّقُوا۟ ٱللَّهَ ٱلَّذِىٓ أَنتُم بِهِۦ مُؤْمِنُونَ ﴿١٢﴾
يَٰٓأَيُّهَا ٱلنَّبِىُّ إِذَا جَآءَكَ ٱلْمُؤْمِنَٰتُ يُبَايِعْنَكَ عَلَىٰٓ
أَن لَّا يُشْرِكْنَ بِٱللَّهِ شَيْـًٔا وَلَا يَسْرِقْنَ وَلَا يَزْنِينَ
وَلَا يَقْتُلْنَ أَوْلَٰدَهُنَّ وَلَا يَأْتِينَ بِبُهْتَٰنٍ يَفْتَرِينَهُۥ
بَيْنَ أَيْدِيهِنَّ وَأَرْجُلِهِنَّ وَلَا يَعْصِينَكَ فِى مَعْرُوفٍ
فَبَايِعْهُنَّ وَٱسْتَغْفِرْ لَهُنَّ ٱللَّهَ إِنَّ ٱللَّهَ غَفُورٌ
رَّحِيمٌ ﴿١٣﴾
يَٰٓأَيُّهَا ٱلَّذِينَ ءَامَنُوا۟ لَا تَتَوَلَّوْا۟ قَوْمًا غَضِبَ ٱللَّهُ عَلَيْهِمْ
قَدْ يَئِسُوا۟ مِنَ ٱلْءَاخِرَةِ كَمَا يَئِسَ ٱلْكُفَّارُ مِنْ أَصْحَٰبِ ٱلْقُبُورِ ﴿١٤﴾ ع

آياتها سُوْرَةُ الصَّفِّ مَدَنِيَّةٌ (٦١) ركوعاتها

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Gloregas Allahon, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

3. Ho vi, kredantoj! Kial vi diras, kion vi ne faras?

4. Tre malaminde estas antaŭ Allah, ke vi diras, kion vi ne faras.

5. Vere Allah amas tiujn, kiuj batalas por Lia afero en vicoj, kvazaŭ ili estus fortika konstruaĵo, cementita per fandita plumbo.

6. Memoru, kiam Moseo diris al sia popolo: ”Ho mia popolo, kial vi ofendas min, kvankam vi certe scias, ke mi estas sendita de Allah al vi? ”. Kiam ili tiam devojiĝis de la vero, Allah lasis iliajn korojn devojiĝi. Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

7. Memoru, kiam diris Jesuo, filo de Maria: ”Ho vi, idoj de Izrael! mi vere estas sendita de Allah al vi, certiganto de tio, kio estis antaŭ mi en la Torao, kaj portanto de la bona novaĵo pri sendoto post mi, kies nomo estos Ahmad”. Kiam li tamen venis al ili kun pruvoj evidentaj, ili diris: ”Tio ĉi estas evidenta magio! ”.

8. Kiu estas pli malpia ol tiu, kiu elpensas mensogon kontraŭ Allah, kvankam li estas vokata al la Islamo? Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

9. Ili volus estingi la lumon de Allah per siaj buŝoj, sed Allah perfektigos Sian lumon, kvankam la miskredantoj kontraŭstaras.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

سَبَّحَ لِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ ۚ وَهُوَ
الْعَزِيْزُ الْحَكِيْمُ (٢)
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لِمَ تَقُوْلُوْنَ مَا لَا تَفْعَلُوْنَ (٣)
كَبُرَ مَقْتًا عِنْدَ اللّٰهِ اَنْ تَقُوْلُوْا مَا لَا تَفْعَلُوْنَ (٤)
اِنَّ اللّٰهَ يُحِبُّ الَّذِيْنَ يُقَاتِلُوْنَ فِيْ سَبِيْلِهٖ صَفًّا
كَاَنَّهُمْ بُنْيَانٌ مَّرْصُوْصٌ (٥)
وَاِذْ قَالَ مُوْسٰى لِقَوْمِهٖ يٰقَوْمِ لِمَ تُؤْذُوْنَنِيْ وَقَدْ
تَّعْلَمُوْنَ اَنِّيْ رَسُوْلُ اللّٰهِ اِلَيْكُمْ ۖ فَلَمَّا زَاغُوْۤا اَزَاغَ
اللّٰهُ قُلُوْبَهُمْ ۚ وَاللّٰهُ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ الْفٰسِقِيْنَ (٦)
وَاِذْ قَالَ عِيْسَى ابْنُ مَرْيَمَ يٰبَنِيْۤ اِسْرَآءِيْلَ اِنِّيْ
رَسُوْلُ اللّٰهِ اِلَيْكُمْ مُّصَدِّقًا لِّمَا بَيْنَ يَدَيَّ مِنَ
التَّوْرٰىةِ وَمُبَشِّرًا ۢبِرَسُوْلٍ يَّاْتِيْ مِنْ ۢ بَعْدِي
اسْمُهٗۤ اَحْمَدُ ۚ فَلَمَّا جَآءَهُمْ بِالْبَيِّنٰتِ قَالُوْا هٰذَا
سِحْرٌ مُّبِيْنٌ (٧)

وَمَنْ اَظْلَمُ مِمَّنِ افْتَرٰى عَلَى اللّٰهِ الْكَذِبَ وَهُوَ
يُدْعٰۤى اِلَى الْاِسْلَامِ ۚ وَاللّٰهُ لَا يَهْدِي الْقَوْمَ
الظّٰلِمِيْنَ (٨)

يُرِيْدُوْنَ لِيُطْفِـُٔوْا نُوْرَ اللّٰهِ بِاَفْوَاهِهِمْ وَاللّٰهُ مُتِمُّ

10. Estas Li Tiu, kiu sendis Sian senditon kun la gvidilo kaj la religio de la vero, por ĝin venkigi super ĉiuj religioj, kvankam la idolanoj kontraŭstaras.

11. Ho vi, kredantoj! Ĉu Mi anoncu al vi negocon, kiu savus vin de dolora puno?

12. Kredu je Allah kaj al Lia sendito kaj batalu por la afero de Allah per viaj propraĵoj kaj per viaj animoj. Tio estos pli bona por vi. Se vi nur scius!

13. Li pardonos al vi viajn pekojn kaj kondukos vin en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, kaj en belegajn loĝejojn en la ĝardenoj de la eterneco. Tio estas la plej granda feliĉo.

14. Li ankaŭ donos alian favoron, kiun vi deziras: helpon de Allah kaj proksiman venkon. Tial anoncu al la kredantoj la bonan novaĵon.

15. Ho vi, kredantoj! Estu helpantoj de Allah, kiel diris al siaj disĉiploj Jesuo, filo de Maria: "Kiuj estas miaj helpantoj por Allah? ", kaj la disĉiploj respondis: "Ni estas la helpantoj de Allah! ". Tiel kredis parto de la idoj de Izrael, kaj nekredis alia parto. Tial Ni plifortigis la kredantojn kontraŭ iliaj malamikoj kaj faris ilin venkantoj.

نُوْرِهٖ وَلَوْ كَرِهَ الْكٰفِرُوْنَ ﴿٩﴾
هُوَ الَّذِيْٓ اَرْسَلَ رَسُوْلَهٗ بِالْهُدٰى وَدِيْنِ الْحَقِّ
لِيُظْهِرَهٗ عَلَى الدِّيْنِ كُلِّهٖ وَلَوْ كَرِهَ الْمُشْرِكُوْنَ ﴿١٠﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا هَلْ اَدُلُّكُمْ عَلٰى تِجَارَةٍ تُنْجِيْكُمْ
مِّنْ عَذَابٍ اَلِيْمٍ ﴿١١﴾
تُؤْمِنُوْنَ بِاللّٰهِ وَرَسُوْلِهٖ وَتُجَاهِدُوْنَ فِيْ سَبِيْلِ اللّٰهِ
بِاَمْوَالِكُمْ وَاَنْفُسِكُمْ ذٰلِكُمْ خَيْرٌ لَّكُمْ اِنْ كُنْتُمْ
تَعْلَمُوْنَ ﴿١٢﴾
يَغْفِرْ لَكُمْ ذُنُوْبَكُمْ وَيُدْخِلْكُمْ جَنّٰتٍ تَجْرِيْ
مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ وَمَسٰكِنَ طَيِّبَةً فِيْ جَنّٰتِ
عَدْنٍ ذٰلِكَ الْفَوْزُ الْعَظِيْمُ ﴿١٣﴾
وَاُخْرٰى تُحِبُّوْنَهَا نَصْرٌ مِّنَ اللّٰهِ وَفَتْحٌ قَرِيْبٌ
وَبَشِّرِ الْمُؤْمِنِيْنَ ﴿١٤﴾
يٰٓاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا كُوْنُوْٓا اَنْصَارَ اللّٰهِ كَمَا قَالَ
عِيْسَى ابْنُ مَرْيَمَ لِلْحَوَارِيّٖنَ مَنْ اَنْصَارِيْٓ اِلَى
اللّٰهِ قَالَ الْحَوَارِيُّوْنَ نَحْنُ اَنْصَارُ اللّٰهِ فَاٰمَنَتْ
طَّآئِفَةٌ مِّنْ بَنِيْٓ اِسْرَآءِيْلَ وَكَفَرَتْ طَّآئِفَةٌ
فَاَيَّدْنَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا عَلٰى عَدُوِّهِمْ فَاَصْبَحُوْا
ظٰهِرِيْنَ ﴿١٥﴾




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Gloregas Allahon, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero, la Reĝon, la Sanktan, la Ĉiopovan, la Saĝan.

3. Estas Li Tiu, kiu vekis inter la malkleruloj senditon el ili – por ke li proklamu al ili Liajn revelaciojn kaj purigu ilin kaj instruu al ili la Libron kaj la saĝon, ĉar ili antaŭe estis en evidenta erarado –

4. kaj inter aliaj el ili, kiuj ankoraŭ ne kuniĝis kun ili. Li estas la Ĉiopova, la Saĝa.

5. Tio estas la graco de Allah: Li donas ĝin, al kiu Li volas. Allah estas la Majstro de la granda graco.

6. La ekzemplo de tiuj, al kiuj estis donita la Torao, sed kiuj ne vivis laŭ ĝi, estas kiel tiu de azeno, kiu portas librojn. Malbonega estas la destino de tiuj, kiuj negas la revelaciojn de Allah! Allah ne gvidas la popolon malpiegan.

7. Diru: "Ho vi, Judoj! Se vi opinias, ke vi estas amikoj de Allah esceptante la aliajn homojn, sopiru la morton, se vi estas sinceraj".

8. Ili tamen neniam sopiros ĝin pro tio, kion iliaj manoj faris. Allah bone konas la malpiegulojn.

9. Diru: "Vere la morto, de kiu vi fuĝas, vin certe atingos. Tiam vi revenos al Tiu,

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

يُسَبِّحُ لِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ الْمَلِكِ
الْقُدُّوْسِ الْعَزِيْزِ الْحَكِيْمِ ②

هُوَ الَّذِيْ بَعَثَ فِي الْاُمِّيّٖنَ رَسُوْلًا مِّنْهُمْ يَتْلُوْا
عَلَيْهِمْ اٰيٰتِهٖ وَيُزَكِّيْهِمْ وَيُعَلِّمُهُمُ الْكِتٰبَ وَ
الْحِكْمَةَ ۗ وَاِنْ كَانُوْا مِنْ قَبْلُ لَفِيْ ضَلٰلٍ
مُّبِيْنٍ ③

وَّاٰخَرِيْنَ مِنْهُمْ لَمَّا يَلْحَقُوْا بِهِمْ ۗ وَهُوَ الْعَزِيْزُ
الْحَكِيْمُ ④

ذٰلِكَ فَضْلُ اللّٰهِ يُؤْتِيْهِ مَنْ يَّشَآءُ ۗ وَاللّٰهُ ذُو الْفَضْلِ
الْعَظِيْمِ ⑤

مَثَلُ الَّذِيْنَ حُمِّلُوا التَّوْرٰىةَ ثُمَّ لَمْ يَحْمِلُوْهَا
كَمَثَلِ الْحِمَارِ يَحْمِلُ اَسْفَارًا ۗ بِئْسَ مَثَلُ
الْقَوْمِ الَّذِيْنَ كَذَّبُوْا بِاٰيٰتِ اللّٰهِ ۗ وَاللّٰهُ لَا يَهْدِي
الْقَوْمَ الظّٰلِمِيْنَ ⑥

قُلْ يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ هَادُوْۤا اِنْ زَعَمْتُمْ اَنَّكُمْ اَوْلِيَآءُ

* v. la verson 10an

kiu konas la Nevideblaĵojn kaj la Videblaĵojn. Li anoncos al vi, kion vi kutimis fari".

10. Ho vi, kredantoj! Kiam resonas la voko al la preĝo de la vendredo, kuru al la rememoro de Allah kaj lasu la negocojn. Tio estas pli bona por vi. Se vi nur scius!

11. Kiam finiĝas la preĝo, disiĝu sur la tero kaj strebu al la graco de Allah kaj memoru Allahon ofte, por ke vi estu prosperaj.

12. Kiam ili tamen vidas iun ajn negocon aŭ ludon, tiam ili tuj foriras al ĝi kaj lasas vin stari sola. Diru: "Tio, kio estas ĉe Allah, estas pli bona ol negoco aŭ ludo. Allah estas la plej bona provizanto".

لِلّٰهِ مِنْ دُوْنِ النَّاسِ فَتَمَنَّوُا الْمَوْتَ اِنْ كُنْتُمْ
صٰدِقِيْنَ ﴿٧﴾
وَلَا يَتَمَنَّوْنَهٗۤ اَبَدًاۢ بِمَا قَدَّمَتْ اَيْدِيْهِمْ وَ
اللّٰهُ عَلِيْمٌۢ بِالظّٰلِمِيْنَ ﴿٨﴾
قُلْ اِنَّ الْمَوْتَ الَّذِيْ تَفِرُّوْنَ مِنْهُ فَاِنَّهٗ مُلٰقِيْكُمْ
ثُمَّ تُرَدُّوْنَ اِلٰى عٰلِمِ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ فَيُنَبِّئُكُمْ
ع بِمَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿٩﴾
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْۤا اِذَا نُوْدِيَ لِلصَّلٰوةِ مِنْ يَّوْمِ
الْجُمُعَةِ فَاسْعَوْا اِلٰى ذِكْرِ اللّٰهِ وَذَرُوا الْبَيْعَ ذٰلِكُمْ
خَيْرٌ لَّكُمْ اِنْ كُنْتُمْ تَعْلَمُوْنَ ﴿١٠﴾
فَاِذَا قُضِيَتِ الصَّلٰوةُ فَانْتَشِرُوْا فِي الْاَرْضِ
وَابْتَغُوْا مِنْ فَضْلِ اللّٰهِ وَاذْكُرُوا اللّٰهَ كَثِيْرًا
لَّعَلَّكُمْ تُفْلِحُوْنَ ﴿١١﴾
وَاِذَا رَاَوْا تِجَارَةً اَوْ لَهْوَا انْفَضُّوْۤا اِلَيْهَا وَتَرَكُوْكَ
قَآئِمًا ؕ قُلْ مَا عِنْدَ اللّٰهِ خَيْرٌ مِّنَ اللَّهْوِ وَمِنَ
ع التِّجَارَةِ ؕ وَاللّٰهُ خَيْرُ الرّٰزِقِيْنَ ﴿١٢﴾




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Kiam la hipokrituloj venas al vi, ili diras: ”Ni atestas, ke vi vere estas la sendito de Allah”. Allah scias, ke vi estas Lia sendito kaj Allah certe atestas, ke la hipokrituloj estas mensoguloj.

3. Ili farus el siaj ĵuroj ŝildon, kaj ili devojigas de la afero de Allah. Malbonega certe estas tio, kion ili kutimas fari!

4. Tio estas, ĉar ili kredis kaj poste nekredis. Tial sigelo estis premita sur iliajn korojn, kaj tial ili ne komprenas.

5. Kiam vi vidas ilin, iliaj personoj plaĉas al vi, kaj, kiam ili parolas, vi aŭskultas iliajn parolòjn. Ili estas kiel starigitaj lignaj traboj. Ili imagas, ke ĉiu krio estas kontraŭ ili. Ili estas la malamiko, tial evitu ilin. Allah malbenu ilin! Kiom ili malproksimiĝis de la kredo!

6. Kiam estas dirite al ili: ”Venu ĉi tien, la sendito de Allah petos pardonon por vi”, tiam ili turnas siajn kapojn flanken kaj vi vidas, ke ili fieregiĝas.

7. Por ili estas egale, ĉu vi petas pardonon por ili, aŭ vi ne petas pardonon por ili. Allah neniam pardonos al ili. Vere Allah ne gvidas la pekemulojn.

8. Estas ili tiuj, kiuj diras: ”Ne almozdonu al tiuj, kiuj estas kun la sendito de Allah, por ke ili disiĝu”, kvankam al Allah apartenas la trezoroj de la ĉieloj kaj de la tero. La hipokrituloj tamen ne komprenas tion.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ (١)
إِذَا جَاءَكَ الْمُنَافِقُونَ قَالُوا نَشْهَدُ إِنَّكَ لَرَسُولُ
اللَّهِ وَاللَّهُ يَعْلَمُ إِنَّكَ لَرَسُولُهُ وَاللَّهُ يَشْهَدُ
إِنَّ الْمُنَافِقِينَ لَكَاذِبُونَ (٢)
اتَّخَذُوا أَيْمَانَهُمْ جُنَّةً فَصَدُّوا عَنْ سَبِيلِ اللَّهِ
إِنَّهُمْ سَاءَ مَا كَانُوا يَعْمَلُونَ (٣)
ذَٰلِكَ بِأَنَّهُمْ آمَنُوا ثُمَّ كَفَرُوا فَطُبِعَ عَلَىٰ قُلُوبِهِمْ
فَهُمْ لَا يَفْقَهُونَ (٤)
وَإِذَا رَأَيْتَهُمْ تُعْجِبُكَ أَجْسَامُهُمْ وَإِنْ يَقُولُوا
تَسْمَعْ لِقَوْلِهِمْ كَأَنَّهُمْ خُشُبٌ مُسَنَّدَةٌ يَحْسَبُونَ
كُلَّ صَيْحَةٍ عَلَيْهِمْ هُمُ الْعَدُوُّ فَاحْذَرْهُمْ قَاتَلَهُمُ
اللَّهُ أَنَّىٰ يُؤْفَكُونَ (٥)
وَإِذَا قِيلَ لَهُمْ تَعَالَوْا يَسْتَغْفِرْ لَكُمْ رَسُولُ اللَّهِ
لَوَّوْا رُءُوسَهُمْ وَرَأَيْتَهُمْ يَصُدُّونَ وَهُمْ
مُسْتَكْبِرُونَ (٦)
سَوَاءٌ عَلَيْهِمْ أَسْتَغْفَرْتَ لَهُمْ أَمْ لَمْ تَسْتَغْفِرْ
لَهُمْ لَنْ يَغْفِرَ اللَّهُ لَهُمْ إِنَّ اللَّهَ لَا يَهْدِي
الْقَوْمَ الْفَاسِقِينَ (٧)

9. Ili diras: "Se ni revenos al Medino, tiam la superuloj forpelos de ĝi la malsuperulojn", kvankam la povo apartenas al Allah kaj al Lia sendito kaj al la kredantoj. La hipokrituloj tamen ne scias tion.

10. Ho vi, kredantoj! Ne distru vin viaj propraĵoj kaj viaj filoj disde la memoro de Allah. Kiu tamen tion faras: tiuj estas la perdontoj.

11. Almozdonu el tio, kion Ni donis al vi, antaŭ ol la morto atingos iun ajn el vi, kaj li diros: "Mia Sinjoro! Se Vi volus konsenti al mi prokraston por malmulte da tempo, tiam mi donus almozojn kaj estus justulo".

12. Neniam tamen konsentos Allah prokraston al iu animo, kiam venis ĝia tempo. Allah bone scias, kion vi faras.

هُمُ الَّذِيْنَ يَقُوْلُوْنَ لَا تُنْفِقُوْا عَلٰى مَنْ عِنْدَ رَسُوْلِ
اللّٰهِ حَتّٰى يَنْفَضُّوْا ۗ وَلِلّٰهِ خَزَآئِنُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ
وَلٰكِنَّ الْمُنٰفِقِيْنَ لَا يَفْقَهُوْنَ ﴿٨﴾
يَقُوْلُوْنَ لَئِنْ رَّجَعْنَآ اِلَى الْمَدِيْنَةِ لَيُخْرِجَنَّ الْاَعَزُّ
مِنْهَا الْاَذَلَّ ۗ وَلِلّٰهِ الْعِزَّةُ وَلِرَسُوْلِهٖ وَلِلْمُؤْمِنِيْنَ
وَلٰكِنَّ الْمُنٰفِقِيْنَ لَا يَعْلَمُوْنَ ﴿٩﴾
يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا لَا تُلْهِكُمْ اَمْوَالُكُمْ وَلَآ اَوْلَادُكُمْ
عَنْ ذِكْرِ اللّٰهِ ۚ وَمَنْ يَّفْعَلْ ذٰلِكَ فَاُولٰٓئِكَ هُمُ
الْخٰسِرُوْنَ ﴿١٠﴾
وَاَنْفِقُوْا مِنْ مَّا رَزَقْنٰكُمْ مِّنْ قَبْلِ اَنْ يَّاْتِيَ اَحَدَكُمُ
الْمَوْتُ فَيَقُوْلَ رَبِّ لَوْلَآ اَخَّرْتَنِيْٓ اِلٰٓى اَجَلٍ
قَرِيْبٍ ۙ فَاَصَّدَّقَ وَاَكُنْ مِّنَ الصّٰلِحِيْنَ ﴿١١﴾
وَلَنْ يُّؤَخِّرَ اللّٰهُ نَفْسًا اِذَا جَآءَ اَجَلُهَا ۗ وَاللّٰهُ
خَبِيْرٌۢ بِمَا تَعْمَلُوْنَ ﴿١٢﴾

## سُوْرَةُ التَّغَابُنِ مَدَنِيَّةٌ (٦٤)

*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Gloregas Allahon ĉio, kio estas en la ĉieloj kaj kio estas sur la tero. Al Li apartenas la suvereneco kaj la laŭdego, kaj Li havas povon super ĉiuj aferoj.

3. Estas Li Tiu, kiu kreis vin, sed inter vi estas miskredantoj kaj inter vi estas kredantoj, kaj Allah bone vidas, kion vi faras.

4. Li kreis la ĉielojn kaj la teron per la vero, Li formis vin kaj faris vian formon bela, kaj al Li estos la hejmeniro.

5. Li scias, kio estas en la ĉieloj kaj sur la tero, kaj Li scias, kion vi kaŝas kaj kion vi malkaŝas, kaj Allah scias, kio estas en la interno de la brustoj.

6. Ĉu vin ne atingis la rakonto pri tiuj, kiuj nekredis antaŭe? Ili gustumis la sekvojn de siaj agoj kaj por ili estas dolora puno.

7. Tio estas, ĉar al ili venis iliaj senditoj kun evidentaj pruvoj, kaj ili diris: "Ĉu nin gvidu mortemuloj? ", kaj ili nekredis kaj turnis sin for, sed Allah ne bezonis ilin. Allah estas memsufiĉa, laŭdegenda.

8. La miskredantoj imagas, ke ili neniam vekiĝos. Diru: "Jes! Per mia Sinjoro! Certe vi estos revekitaj, kaj poste certe estos anoncita al vi tio, kion vi faris. Tio estas facila por Allah".

9. Tial kredu je Allah kaj al Lia sendito kaj al la lumo, kiun Ni sendis. Allah bone scias, kion vi faras.

بِسْمِ اللهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
يُسَبِّحُ لِلّٰهِ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَمَا فِي الْاَرْضِ لَهُ الْمُلْكُ
وَلَهُ الْحَمْدُ وَهُوَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ②
هُوَ الَّذِيْ خَلَقَكُمْ فَمِنْكُمْ كَافِرٌ وَّمِنْكُمْ مُّؤْمِنٌ
وَاللهُ بِمَا تَعْمَلُوْنَ بَصِيْرٌ ③
خَلَقَ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضَ بِالْحَقِّ وَصَوَّرَكُمْ فَاَحْسَنَ
صُوَرَكُمْ وَاِلَيْهِ الْمَصِيْرُ ④
يَعْلَمُ مَا فِي السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَيَعْلَمُ مَا تُسِرُّوْنَ
وَمَا تُعْلِنُوْنَ وَاللهُ عَلِيْمٌ بِذَاتِ الصُّدُوْرِ ⑤
اَلَمْ يَاْتِكُمْ نَبَؤُا الَّذِيْنَ كَفَرُوْا مِنْ قَبْلُ فَذَاقُوْا
وَبَالَ اَمْرِهِمْ وَلَهُمْ عَذَابٌ اَلِيْمٌ ⑥
ذٰلِكَ بِاَنَّهٗ كَانَتْ تَّاْتِيْهِمْ رُسُلُهُمْ بِالْبَيِّنٰتِ
فَقَالُوْٓا اَبَشَرٌ يَّهْدُوْنَنَا فَكَفَرُوْا وَتَوَلَّوْا وَّ
اسْتَغْنَى اللهُ وَاللهُ غَنِيٌّ حَمِيْدٌ ⑦
زَعَمَ الَّذِيْنَ كَفَرُوْٓا اَنْ لَّنْ يُّبْعَثُوْا قُلْ بَلٰى وَرَبِّيْ
لَتُبْعَثُنَّ ثُمَّ لَتُنَبَّؤُنَّ بِمَا عَمِلْتُمْ وَذٰلِكَ عَلَى
اللهِ يَسِيْرٌ ⑧
فَاٰمِنُوْا بِاللهِ وَرَسُوْلِهٖ وَالنُّوْرِ الَّذِيْٓ اَنْزَلْنَا وَاللهُ
بِمَا تَعْمَلُوْنَ خَبِيْرٌ ⑨

* v. la verson 10an

10. En la tago, en kiu Li kunvenigos vin, en la tago de la kunveno: tiu estos la tago de la malgajno kaj de la gajno. Kiu kredas je Allah kaj bonfaras – Li forprenos de li liajn kulpojn kaj kondukos lin en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, por ke li restu tie por ĉiam. Tio estas la plej granda feliĉo.

يَوْمَ يَجْمَعُكُمْ لِيَوْمِ الْجَمْعِ ذٰلِكَ يَوْمُ التَّغَابُنِ
وَمَنْ يُّؤْمِنْ بِاللّٰهِ وَيَعْمَلْ صَالِحًا يُّكَفِّرْ عَنْهُ
سَيِّاٰتِهٖ وَيُدْخِلْهُ جَنّٰتٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ
خٰلِدِيْنَ فِيْهَاۤ اَبَدًا ذٰلِكَ الْفَوْزُ الْعَظِيْمُ ﴿١٠﴾

11. Tiuj, kiuj nekredas kaj rifuzas Niajn revelaciojn, estos loĝantoj de l' fajro kaj restos tie por ĉiam. Malbonega estas la destino!

وَالَّذِيْنَ كَفَرُوْا وَكَذَّبُوْا بِاٰيٰتِنَاۤ اُولٰٓئِكَ اَصْحٰبُ النَّارِ
ع ١٥ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ۗ وَبِئْسَ الْمَصِيْرُ ﴿١١﴾

12. Ilin trafos neniu malfeliĉo, krom kun la permeso de Allah. Kiu kredas je Allah, ties koron Li gvidas. Allah scias ĉion.

مَاۤ اَصَابَ مِنْ مُّصِيْبَةٍ اِلَّا بِاِذْنِ اللّٰهِ ۗ وَمَنْ
يُّؤْمِنْ بِاللّٰهِ يَهْدِ قَلْبَهٗ ۗ وَاللّٰهُ بِكُلِّ شَيْءٍ
عَلِيْمٌ ﴿١٢﴾

13. Obeu Allahon kaj obeu la senditon. Se vi tamen turnas vin for, tiam la devo de Nia sendito estas nur la klara proklamado.

وَاَطِيْعُوا اللّٰهَ وَاَطِيْعُوا الرَّسُوْلَ ۚ فَاِنْ تَوَلَّيْتُمْ فَاِنَّمَا
عَلٰى رَسُوْلِنَا الْبَلٰغُ الْمُبِيْنُ ﴿١٣﴾

14. Allah! Ne ekzistas alia Dio ol Li. Je Allah konfidu la kredantoj.

اَللّٰهُ لَاۤ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ ۗ وَعَلَى اللّٰهِ فَلْيَتَوَكَّلِ الْمُؤْمِنُوْنَ ﴿١٤﴾

15. Ho vi, kredantoj! Vere inter viaj edzinoj kaj viaj filoj estas iuj, kiuj estas viaj malamikoj, tial gardu vin de ili. Se vi tamen pardonas kaj indulgas kaj senkulpigas, tiam sciu, ke vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْۤا اِنَّ مِنْ اَزْوَاجِكُمْ وَاَوْلَادِكُمْ
عَدُوًّا لَّكُمْ فَاحْذَرُوْهُمْ ۚ وَاِنْ تَعْفُوْا وَتَصْفَحُوْا
وَتَغْفِرُوْا فَاِنَّ اللّٰهَ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ ﴿١٥﴾

16. Viaj propraĵoj kaj viaj filoj estas nur tento. Ĉe Allah estos granda rekompenco.

اِنَّمَاۤ اَمْوَالُكُمْ وَاَوْلَادُكُمْ فِتْنَةٌ ۗ وَاللّٰهُ عِنْدَهٗۤ
اَجْرٌ عَظِيْمٌ ﴿١٦﴾

17. Respektegu Allahon, kiel eble vi povas, kaj obeu kaj almozdonu. Tio estas plej bona por vi mem. Kiu estas savita de sia propra avareco, tiu estos sukcesa.

فَاتَّقُوا اللّٰهَ مَا اسْتَطَعْتُمْ وَاسْمَعُوْا وَاَطِيْعُوْا وَ
اَنْفِقُوْا خَيْرًا لِّاَنْفُسِكُمْ ۗ وَمَنْ يُّوْقَ شُحَّ نَفْسِهٖ
فَاُولٰٓئِكَ هُمُ الْمُفْلِحُوْنَ ﴿١٧﴾

18. Se vi donas al Allah belan pruntedonon, ĝi estos pliigita por vi kaj Li pardonos al vi. Allah estas ŝatema, grandanima,

اِنْ تُقْرِضُوا اللّٰهَ قَرْضًا حَسَنًا يُّضٰعِفْهُ لَكُمْ وَ
يَغْفِرْ لَكُمْ ۗ وَاللّٰهُ شَكُوْرٌ حَلِيْمٌ ﴿١٨﴾

19. Scianto de la Nevideblaĵoj kaj de la Videblaĵoj, la Ĉiopova, la Saĝa.

ع ٢ عٰلِمُ الْغَيْبِ وَالشَّهَادَةِ الْعَزِيْزُ الْحَكِيْمُ ﴿١٩﴾




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho vi, Profeto! Kiam vi eksedziĝas de virinoj, faru tion por ilia difinita tempo, kaj kalkulu la tempon, kaj respektegu Allahon, vian Sinjoron. Ne forpelu ilin el iliaj domoj kaj ne lasu ilin foriri, krom se ili faras evidentajn hontindaĵojn. Tiuj estas la baroj de Allah. Kiu transpaŝas la barojn de Allah, tiu vere pekas kontraŭ si mem. Vi ne scias, eble Allah poste igos ion novan okazi.

3. Kiam pasis ilia tempo, tiam reprenu ilin ĝentile, aŭ disiĝu de ili ĝentile, kaj prenu justulojn kiel atestantojn el via mezo, kaj faru tion atesto antaŭ Allah. Tio estas admono por tiu, kiu kredas je Allah kaj al la vivo venonta. Kiu respektegas Allahon, sciu: por tiu Li estigos eliron.

4. Li provizos vin, de kie vi ne supozas. Por tiu, kiu konfidas je Allah, Li sufiĉas. Vere Allah efektivigos Sian intencon. Vere Allah destinis mezuron por ĉiuj aferoj.

5. Se vi estas en dubo pri tiuj el viaj virinoj, kiuj ne plu esperas je la monataĵoj, sciu, ke ilia tempo estas tri monatoj kaj same estas por tiuj, kiuj ankoraŭ ne havis monataĵon. Por la gravedulinoj vi gardu la tempon, ĝis ili senŝarĝiĝos de sia ŝarĝo. Al tiu, kiu respektegas Allahon, Li konsentos faciligon pri liaj aferoj.

6. Tiu estas la ordono de Allah, kiun Li sendis al vi. De tiu, kiu respektegas Allahon, Li forprenos liajn pekojn kaj pliigos lian rekompencon.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)
يٰٓاَيُّهَا النَّبِيُّ اِذَا طَلَّقْتُمُ النِّسَآءَ فَطَلِّقُوْهُنَّ
لِعِدَّتِهِنَّ وَاَحْصُوا الْعِدَّةَ ۚ وَاتَّقُوا اللّٰهَ رَبَّكُمْ ۚ
لَا تُخْرِجُوْهُنَّ مِنْ بُيُوْتِهِنَّ وَلَا يَخْرُجْنَ اِلَّآ اَنْ
يَّاْتِيْنَ بِفَاحِشَةٍ مُّبَيِّنَةٍ ۗ وَتِلْكَ حُدُوْدُ اللّٰهِ ۗ وَ
مَنْ يَّتَعَدَّ حُدُوْدَ اللّٰهِ فَقَدْ ظَلَمَ نَفْسَهٗ ۗ لَا تَدْرِيْ
لَعَلَّ اللّٰهَ يُحْدِثُ بَعْدَ ذٰلِكَ اَمْرًا (٢)
فَاِذَا بَلَغْنَ اَجَلَهُنَّ فَاَمْسِكُوْهُنَّ بِمَعْرُوْفٍ اَوْ
فَارِقُوْهُنَّ بِمَعْرُوْفٍ وَّاَشْهِدُوْا ذَوَيْ عَدْلٍ
مِّنْكُمْ وَاَقِيْمُوا الشَّهَادَةَ لِلّٰهِ ۗ ذٰلِكُمْ يُوْعَظُ بِهٖ مَنْ
كَانَ يُؤْمِنُ بِاللّٰهِ وَالْيَوْمِ الْاٰخِرِ ۗ وَمَنْ يَّتَّقِ اللّٰهَ
يَجْعَلْ لَّهٗ مَخْرَجًا (٣)
وَّيَرْزُقْهُ مِنْ حَيْثُ لَا يَحْتَسِبُ ۗ وَمَنْ يَّتَوَكَّلْ عَلَى
اللّٰهِ فَهُوَ حَسْبُهٗ ۗ اِنَّ اللّٰهَ بَالِغُ اَمْرِهٖ ۗ قَدْ جَعَلَ
اللّٰهُ لِكُلِّ شَيْءٍ قَدْرًا (٤)
وَالّٰٓـِٔيْ يَئِسْنَ مِنَ الْمَحِيْضِ مِنْ نِّسَآئِكُمْ اِنِ ارْتَبْتُمْ
فَعِدَّتُهُنَّ ثَلٰثَةُ اَشْهُرٍ ۙ وَّالّٰٓـِٔيْ لَمْ يَحِضْنَ ۗ وَاُولَاتُ
الْاَحْمَالِ اَجَلُهُنَّ اَنْ يَّضَعْنَ حَمْلَهُنَّ ۗ وَمَنْ يَّتَّقِ
اللّٰهَ يَجْعَلْ لَّهٗ مِنْ اَمْرِهٖ يُسْرًا (٥)

7. Lasu ilin loĝi, kie vi loĝas, laŭ viaj ebloj, kaj ne traktu ilin malbone por ĉagreni ilin. Se ili estas gravedaj, vivtenu ilin, ĝis ili senŝarĝiĝos de sia ŝarĝo. Se ili mamnutras infanon por vi, donu al ili ilian rekompencon, kaj konsiliĝu inter vi ĝentile. Se tio tamen embarasas vin, tiam alia virino mamnutru la infanon por vi.

8. Kiu havas abundon, tiu elspezu laŭ sia abundo, kaj, kiu havas malabundon de propraĵoj, tiu elspezu laŭ tio, kion Allah donis al li. Allah ne postulas de iu animo pli, ol Li mem donis al ĝi. Certe Allah estigos faciligon post la malfeliĉo.

9. Kiom multaj urboj kontraŭstaris la ordonon de sia Sinjoro kaj de Liaj senditoj, kaj Ni juĝis ilin severe kaj punis ilin per grava puno!

10. Tiel ili gustumis la malbonajn sekvojn de sia konduto, kaj la fino de ilia konduto estis pereo.

11. Allah pretigis por ili severan punon, do respektegu Allahon, ho vi gento prudenta, kiu kredas! Vere Allah sendis al vi admonon,

12. senditon, kiu proklamas al vi la revelaciojn evidentajn de Allah, por konduki la kredantojn kaj bonfarantojn el la mallumego al la lumo, kaj tiun, kiu kredas je Allah kaj bonfaras, Li kondukos en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, por ke li restu tie por ĉiam. Allah vere konsentis al li bonegan provizaĵon.

ذٰلِكَ اَمْرُ اللّٰهِ اَنْزَلَهٗٓ اِلَيْكُمْ وَمَنْ يَّتَّقِ اللّٰهَ يُكَفِّرْ
عَنْهُ سَيِّاٰتِهٖ وَيُعْظِمْ لَهٗٓ اَجْرًا ٦
اَسْكِنُوْهُنَّ مِنْ حَيْثُ سَكَنْتُمْ مِّنْ وُّجْدِكُمْ وَ
لَا تُضَآرُّوْهُنَّ لِتُضَيِّقُوْا عَلَيْهِنَّ وَاِنْ كُنَّ اُولَاتِ
حَمْلٍ فَاَنْفِقُوْا عَلَيْهِنَّ حَتّٰى يَضَعْنَ حَمْلَهُنَّ فَاِنْ
اَرْضَعْنَ لَكُمْ فَاٰتُوْهُنَّ اُجُوْرَهُنَّ وَاْتَمِرُوْا بَيْنَكُمْ
بِمَعْرُوْفٍ وَاِنْ تَعَاسَرْتُمْ فَسَتُرْضِعُ لَهٗٓ اُخْرٰى ٧
لِيُنْفِقْ ذُوْ سَعَةٍ مِّنْ سَعَتِهٖ وَمَنْ قُدِرَ عَلَيْهِ
رِزْقُهٗ فَلْيُنْفِقْ مِمَّآ اٰتٰىهُ اللّٰهُ لَا يُكَلِّفُ اللّٰهُ نَفْسًا
ع اِلَّا مَآ اٰتٰىهَا سَيَجْعَلُ اللّٰهُ بَعْدَ عُسْرٍ يُّسْرًا ٨
وَكَاَيِّنْ مِّنْ قَرْيَةٍ عَتَتْ عَنْ اَمْرِ رَبِّهَا وَرُسُلِهٖ
فَحَاسَبْنٰهَا حِسَابًا شَدِيْدًا وَّعَذَّبْنٰهَا عَذَابًا نُّكْرًا ٩
فَذَاقَتْ وَبَالَ اَمْرِهَا وَكَانَ عَاقِبَةُ اَمْرِهَا
خُسْرًا ١٠
اَعَدَّ اللّٰهُ لَهُمْ عَذَابًا شَدِيْدًا فَاتَّقُوا اللّٰهَ يٰٓاُولِى
الْاَلْبَابِ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا قَدْ اَنْزَلَ اللّٰهُ اِلَيْكُمْ
ذِكْرًا ١١
رَّسُوْلًا يَّتْلُوْا عَلَيْكُمْ اٰيٰتِ اللّٰهِ مُبَيِّنٰتٍ لِّيُخْرِجَ
الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ مِنَ الظُّلُمٰتِ اِلَى
النُّوْرِ وَمَنْ يُّؤْمِنْ بِاللّٰهِ وَيَعْمَلْ صَالِحًا يُّدْخِلْهُ
جَنّٰتٍ تَجْرِىْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ فِيْهَآ اَبَدًا
قَدْ اَحْسَنَ اللّٰهُ لَهٗ رِزْقًا ١٢

13. Estas Allah Tiu, kiu kreis sep ĉielojn kaj la saman nombron da teroj. La Dia ordono venas inter ilin, por ke vi eksciu, ke Allah havas povon super ĉiuj aferoj, kaj ke certe Allah ĉirkaŭas ĉiujn aĵojn per Sia scio.

اَللّٰهُ الَّذِيْ خَلَقَ سَبْعَ سَمٰوٰتٍ وَّمِنَ الْاَرْضِ مِثْلَهُنَّ
يَتَنَزَّلُ الْاَمْرُ بَيْنَهُنَّ لِتَعْلَمُوْٓا اَنَّ اللّٰهَ عَلٰى كُلِّ
شَيْءٍ قَدِيْرٌ وَّاَنَّ اللّٰهَ قَدْ اَحَاطَ بِكُلِّ شَيْءٍ عِلْمًا (١٣)

## Ĉapitro 66 — At-Tahrīm (La malpermeso) — 28-a parto




*revelaciita en Medino*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

2. Ho vi, Profeto! Kial vi malpermesas al vi mem tion, kion Allah permesis al vi? Ĉu vi volas komplezi viajn edzinojn? Allah estas senkulpigema, pardonema.

يٰٓاَيُّهَا النَّبِيُّ لِمَ تُحَرِّمُ مَآ اَحَلَّ اللّٰهُ لَكَ ۚ تَبْتَغِيْ
مَرْضَاتَ اَزْوَاجِكَ ۭ وَاللّٰهُ غَفُوْرٌ رَّحِيْمٌ (٢)

3. Allah vere konsentis al vi la absolvon de viaj ĵuroj, kaj Allah estas via Protektanto kaj Li estas la Ĉioscia, la Saĝa.

قَدْ فَرَضَ اللّٰهُ لَكُمْ تَحِلَّةَ اَيْمَانِكُمْ ۚ وَاللّٰهُ مَوْلٰىكُمْ ۚ
وَهُوَ الْعَلِيْمُ الْحَكِيْمُ (٣)

4. Kiam la Profeto konfidis sekreton al iu el siaj edzinoj, kaj ŝi babilis, kaj Allah sciigis tion al li, tiam li sciigis al ŝi iom da ĝi, sed silentis pri io alia. Kiam li do sciigis al ŝi tion, ŝi diris: "Kiu diris tion al vi? ", kaj li respondis: "La Ĉioscia, la Ĉiokona diris tion al mi".

وَاِذْ اَسَرَّ النَّبِيُّ اِلٰى بَعْضِ اَزْوَاجِهٖ حَدِيْثًا ۚ فَلَمَّا
نَبَّاَتْ بِهٖ وَاَظْهَرَهُ اللّٰهُ عَلَيْهِ عَرَّفَ بَعْضَهٗ وَ
اَعْرَضَ عَنْۢ بَعْضٍ ۚ فَلَمَّا نَبَّاَهَا بِهٖ قَالَتْ مَنْ
اَنْۢبَاَكَ هٰذَا ۭ قَالَ نَبَّاَنِيَ الْعَلِيْمُ الْخَبِيْرُ (٤)

5. Se vi ambaŭ tamen turnas vin pentante al Allah, tiam viaj koroj jam inklinas al tio, sed, se vi reciproke vin subtenas pri tio, vere Allah estas lia Protektanto kaj ankaŭ Gabrielo kaj la justuloj inter la kredantoj, kaj krome estas la anĝeloj liaj helpantoj.

اِنْ تَتُوْبَآ اِلَى اللّٰهِ فَقَدْ صَغَتْ قُلُوْبُكُمَا ۚ وَاِنْ
تَظٰهَرَا عَلَيْهِ فَاِنَّ اللّٰهَ هُوَ مَوْلٰىهُ وَجِبْرِيْلُ وَ
صَالِحُ الْمُؤْمِنِيْنَ ۚ وَالْمَلٰۗىِٕكَةُ بَعْدَ ذٰلِكَ ظَهِيْرٌ (٥)

6. Eble lia Sinjoro donos al li pli bonajn edzinojn ol vi estas – kiam li eksedziĝas – submetiĝantajn, kredantajn, obeemajn, pentantajn, piajn, fastantajn – vidvinojn kaj virgulinojn.

عَسٰى رَبُّهٗٓ اِنْ طَلَّقَكُنَّ اَنْ يُّبْدِلَهٗٓ اَزْوَاجًا خَيْرًا
مِّنْكُنَّ مُسْلِمٰتٍ مُّؤْمِنٰتٍ قٰنِتٰتٍ تٰۗىِٕبٰتٍ عٰبِدٰتٍ
سٰۗىِٕحٰتٍ ثَيِّبٰتٍ وَّاَبْكَارًا (٦)

7. Ho vi, kredantoj! Savu vin kaj viajn familiojn de la fajro, kies brulaĵo estas homoj kaj ŝtonoj, super kiu regas anĝeloj fortegaj, severaj, kiuj ne malobeas Allahon pri tio, kion Li ordonas al ili, sed faras, kion Li ordonas.

يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا قُوْۤا اَنْفُسَكُمْ وَاَهْلِيْكُمْ نَارًا
وَّقُوْدُهَا النَّاسُ وَالْحِجَارَةُ عَلَيْهَا مَلٰۤئِكَةٌ غِلَاظٌ
شِدَادٌ لَّا يَعْصُوْنَ اللّٰهَ مَاۤ اَمَرَهُمْ وَيَفْعَلُوْنَ
مَا يُؤْمَرُوْنَ ﴿٧﴾

8. Ho vi miskredantoj! Ne prezentu pretekstojn hodiaŭ. Vi estos rekompencitaj nur pro tio, kion vi kutimis fari.

يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَا تَعْتَذِرُوا الْيَوْمَ ؕ اِنَّمَا
ع تُجْزَوْنَ مَا كُنْتُمْ تَعْمَلُوْنَ ﴿٨﴾

9. Ho vi, kredantoj! Turnu vin al Allah en sincera pento. Eble via Sinjoro forprenos de vi viajn kulpojn kaj kondukos vin en ĝardenojn, sub kiuj fluas riveroj, en la tago en kiu Allah ne ruĝigos la Profeton nek la kredantojn kun li. Ilia lumo antaŭiros al ili kaj al iliaj manoj dekstraj.* Ili diros: "Nia Sinjoro, perfektigu por ni nian lumon kaj pardonu al ni. Vi vere havas povon super ĉiuj aferoj".

يٰۤاَيُّهَا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا تُوْبُوْۤا اِلَى اللّٰهِ تَوْبَةً نَّصُوْحًا ؕ
عَسٰى رَبُّكُمْ اَنْ يُّكَفِّرَ عَنْكُمْ سَيِّاٰتِكُمْ وَيُدْخِلَكُمْ
جَنّٰتٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ ۙ يَوْمَ لَا يُخْزِى
اللّٰهُ النَّبِيَّ وَالَّذِيْنَ اٰمَنُوْا مَعَهٗ ۚ نُوْرُهُمْ يَسْعٰى
بَيْنَ اَيْدِيْهِمْ وَبِاَيْمَانِهِمْ يَقُوْلُوْنَ رَبَّنَاۤ اَتْمِمْ
لَنَا نُوْرَنَا وَاغْفِرْ لَنَا ۚ اِنَّكَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ قَدِيْرٌ ﴿٩﴾

10. Ho vi, Profeto! Batalu kontraŭ la miskredantoj kaj la hipokrituloj, kaj estu severa kontraŭ ili. Ilia restadejo estos la Infero. Malbonega estas la destino!

يٰۤاَيُّهَا النَّبِيُّ جَاهِدِ الْكُفَّارَ وَالْمُنٰفِقِيْنَ وَاغْلُظْ
عَلَيْهِمْ ؕ وَمَاْوٰىهُمْ جَهَنَّمُ ؕ وَبِئْسَ الْمَصِيْرُ ﴿١٠﴾

11. Allah proponas al la miskredantoj la ekzemplon de la edzino de Noa kaj de la edzino de Lot. Ambaŭ estis sub du el Niaj justaj servantoj, sed perfidis ilin, tial tiuj neniom utilis al ili antaŭ Allah, kaj al ili estis dirite: "Eniru ambaŭ en la fajron kun tiuj, kiuj eniras! ".

ضَرَبَ اللّٰهُ مَثَلًا لِّلَّذِيْنَ كَفَرُوا امْرَاَتَ نُوْحٍ وَّ
امْرَاَتَ لُوْطٍ ؕ كَانَتَا تَحْتَ عَبْدَيْنِ مِنْ عِبَادِنَا
صَالِحَيْنِ فَخَانَتٰهُمَا فَلَمْ يُغْنِيَا عَنْهُمَا مِنَ اللّٰهِ
شَيْـًٔا وَّقِيْلَ ادْخُلَا النَّارَ مَعَ الدّٰخِلِيْنَ ﴿١١﴾

12. Allah proponas al la kredantoj la ekzemplon de la edzino de Faraono, kiam ŝi diris: "Mia Sinjoro, konstruu por mi domon ĉe Vi en la Paradizo, kaj savu min de Faraono kaj de liaj faroj kaj savu min de la popolo malpiega! "

وَضَرَبَ اللّٰهُ مَثَلًا لِّلَّذِيْنَ اٰمَنُوا امْرَاَتَ فِرْعَوْنَ ۘ
اِذْ قَالَتْ رَبِّ ابْنِ لِيْ عِنْدَكَ بَيْتًا فِي الْجَنَّةِ وَ
نَجِّنِيْ مِنْ فِرْعَوْنَ وَعَمَلِهٖ وَنَجِّنِيْ مِنَ الْقَوْمِ
الظّٰلِمِيْنَ ﴿١٢﴾

* ĉirkaŭos ilin

13. kaj la ekzemplon de Maria, la filino de Imrân, kiu gardis sian ĉastecon – tial Ni enblovis en ŝin Nian spiriton – kaj kredis je la vortoj de sia Sinjoro kaj je Liaj Skriboj, kaj estis unu el la obeemaj.

وَمَرْيَمَ ابْنَتَ عِمْرٰنَ الَّتِيْٓ اَحْصَنَتْ فَرْجَهَا
فَنَفَخْنَا فِيْهِ مِنْ رُّوْحِنَا وَصَدَّقَتْ بِكَلِمٰتِ رَبِّهَا
ع وَكُتُبِهٖ وَكَانَتْ مِنَ الْقٰنِتِيْنَ ﴿١٣﴾

* Fino de la 28-a parto






*revelaciita en Mekko*

الجزء ٢٩

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Estu benata Tiu, en kies mano estas la suvereneco. Li havas povon super ĉiuj aferoj.

3. Tiu, kiu kreis la morton kaj la vivon por elprovi vin, por eksciigi kiu el vi estas la plej bona ĉe la faroj. Li estas la Ĉiopova, la Senkulpigema.

4. Tiu, kiu kreis sep ĉielojn en akordo. Vi ne povas vidi en la kreo de la Donema iun ajn mankon. Turnu do ĉien ajn vian rigardon: ĉu vi vidas iun ajn mankon?

5. Poste turnu vian rigardon ankoraŭ dufoje. Via rigardo nur revenos al vi, lacigita kaj konfuzita.

6. Vere Ni ornamis la plej malsupran ĉielon per lampoj kaj faris el ili ilon por la forpelo de la Satanoj, kaj Ni pretigis por ili la punon de la flamoj.

7. Por tiuj, kiuj ne kredas je sia Sinjoro, estos la puno de l' Infero. Malbonega estas la destino!

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾
تَبٰرَكَ الَّذِيْ بِيَدِهِ الْمُلْكُ وَهُوَ عَلٰى كُلِّ شَيْءٍ
قَدِيْرُ ﴿٢﴾
الَّذِيْ خَلَقَ الْمَوْتَ وَالْحَيٰوةَ لِيَبْلُوَكُمْ اَيُّكُمْ
اَحْسَنُ عَمَلًا وَهُوَ الْعَزِيْزُ الْغَفُوْرُ ﴿٣﴾
الَّذِيْ خَلَقَ سَبْعَ سَمٰوٰتٍ طِبَاقًا مَا تَرٰى فِيْ
خَلْقِ الرَّحْمٰنِ مِنْ تَفٰوُتٍ فَارْجِعِ الْبَصَرَ هَلْ
تَرٰى مِنْ فُطُوْرٍ ﴿٤﴾
ثُمَّ ارْجِعِ الْبَصَرَ كَرَّتَيْنِ يَنْقَلِبْ اِلَيْكَ الْبَصَرُ
خَاسِئًا وَّهُوَ حَسِيْرٌ ﴿٥﴾
وَلَقَدْ زَيَّنَّا السَّمَآءَ الدُّنْيَا بِمَصَابِيْحَ وَجَعَلْنٰهَا
رُجُوْمًا لِّلشَّيٰطِيْنِ وَاَعْتَدْنَا لَهُمْ عَذَابَ السَّعِيْرِ ﴿٦﴾
وَلِلَّذِيْنَ كَفَرُوْا بِرَبِّهِمْ عَذَابُ جَهَنَّمَ وَبِئْسَ
الْمَصِيْرُ ﴿٧﴾

إذا ألقوا فيها سمعوا لها شهيقا وهي تفور (7)

8. Kiam ili estos ĵetitaj en ĝin, ili aŭdos ĝin muĝi, dum ĝi bolas.

تكاد تميز من الغيظ كلما ألقي فيها فوج
سألهم خزنتها ألم يأتكم نذير (8)

9. Ĝi preskaŭ eksplodos pro kolero. Kiam aro da ili estas ĵetita en ĝin, iliaj gardantoj demandas ilin: "Ĉu neniu admonanto venis al vi? ".

قالوا بلى قد جاءنا نذير فكذبنا وقلنا ما
نزل الله من شيء إن أنتم إلا في ضلل
كبير (9)

10. Ili respondas: "Jes! Vere venis al ni admonanto, sed ni kulpigis lin pri mensogo kaj diris: Allah neniam sendis vin; vi estas nur en granda eraro".

وقالوا لو كنا نسمع أو نعقل ما كنا في أصحب
السعير (10)

11. Kaj ili diros: "Se nur ni estus aŭskultintaj aŭ komprenintaj, ni ne estus inter la loĝantoj de la flamoj".

فاعترفوا بذنبهم فسحقا لأصحب السعير (11)

12. Ili konfesos siajn pekojn; malproksime de la graco estas la loĝantoj de la flamoj!

إن الذين يخشون ربهم بالغيب لهم مغفرة
وأجر كبير (12)

13. Vere por tiuj, kiuj sekrete timas sian Sinjoron, estos pardono kaj granda rekompenco.

وأسروا قولكم أو اجهروا به إنه عليم بذات
الصدور (13)

14. Ĉu vi kaŝas vian vorton, ĉu vi eldiras ĝin malkaŝe, vere Li konas la internon de la brustoj.

ع ألا يعلم من خلق وهو اللطيف الخبير (14)

15. Ĉu vi do ne konas Tiun, kiu kreis? Li estas la Scianto de la Kaŝitaĵoj, la Ĉiokona.

هو الذي جعل لكم الأرض ذلولا فامشوا في
مناكبها وكلوا من رزقه وإليه النشور (15)

16. Estas Li Tiu, kiu igis la teron servi vin, do iru sur ĝiaj vojoj kaj manĝu el Liaj provizaĵoj. Al Li estos la releviĝo.

ءأمنتم من في السماء أن يخسف بكم الأرض
فإذا هي تمور (16)

17. Ĉu vi estas sekuraj pri Tiu, kiu estas en la ĉielo, ke Li ne igos la teron engluti vin, kiam ĝi komencos tremi?

أم أمنتم من في السماء أن يرسل عليكم حاصبا
فستعلمون كيف نذير (17)

18. Ĉu vi estas sekuraj pri Tiu, kiu estas en la ĉielo, ke Li ne sendos kontraŭ vin ventegon? Tiam vi ekscios, kia estis Mia admono!

ولقد كذب الذين من قبلهم فكيف كان نكير (18)

19. Jam negis tiuj, kiuj estis antaŭ ili; kia estis tiam la sekvo!

أولم يروا إلى الطير فوقهم صفت ويقبضن

20. Ĉu ili ne vidis la birdojn super si mem, kiel ili streĉas kaj faldas siajn flugilojn? Nur la Donema subtenas ilin. Vere Li vidas ĉiujn aĵojn.

21. Aŭ kiu estas tiu, kiu povas esti kvazaŭ tuta armeo por vi, kiu povas helpi vin, krom la Donema? La miskredantoj estas nur en eraro.

22. Aŭ kiu estas tiu, kiu provizas vin, se Li reprenas Sian provizaĵon? Ne! Ili tamen obstinas en sia kontraŭstaremo kaj malobeemo.

23. Kiel? Ĉu estas tiu, kiu trenas sin sur sia vizaĵo, pli bone gvidata ol tiu, kiu iras rekte sur la rekta vojo?

24. Diru: "Estas Li Tiu, kiu estigis vin kaj donis al vi aŭdadon kaj vidadon kaj koron. Malmultaj tamen estas dankemaj! ".

25. Diru: "Estas Li Tiu, kiu multigas vin sur la tero kaj al Li vi estos kunvenigitaj".

26. Ili diras: "Kiam plenumiĝos tiu ĉi promeso, se vi estas sinceraj? ".

27. Diru: "Vere la scio pri tio estas nur ĉe Allah. Mi vere estas nur klariga admonanto".

28. Kiam ili tamen vidos ĝin alproksimiĝi, tiam la vizaĝoj de la miskredantoj kuntiriĝos kaj estos dirite: "Estas tio, kion vi kutimis postuli".

29. Diru: "Kion vi opinias? Se Allah neniigus min kaj tiujn, kiuj estas kun mi, aŭ se Li kompatus al ni, kiu tiam defendos la miskredantojn kontraŭ la dolora puno? ".

30. Diru: "Li estas la Donema; je Li ni kredas kaj je Li ni konfidas. Baldaŭ vi ekscios, kiu estas tiu, kiu troviĝas en evidenta eraro".

31. Diru: "Kion vi opinias? Se via akvo sekiĝus, kiu tiam havigus al vi fluantan akvon? ".

ما يمسكهن إلا الرحمن إنه بكل شيء بصير ﴿١٩﴾
أمن هذا الذي هو جند لكم ينصركم من
دون الرحمن إن الكافرون إلا في غرور ﴿٢٠﴾
أمن هذا الذي يرزقكم إن أمسك رزقه
بل لجوا في عتو ونفور ﴿٢١﴾
أفمن يمشي مكبا على وجهه أهدى أمن يمشي
سويا على صراط مستقيم ﴿٢٢﴾
قل هو الذي أنشأكم وجعل لكم السمع
والأبصار والأفئدة قليلا ما تشكرون ﴿٢٣﴾
قل هو الذي ذرأكم في الأرض وإليه تحشرون ﴿٢٤﴾
ويقولون متى هذا الوعد إن كنتم صادقين ﴿٢٥﴾
قل إنما العلم عند الله وإنما أنا نذير
مبين ﴿٢٦﴾
فلما رأوه زلفة سيئت وجوه الذين كفروا
وقيل هذا الذي كنتم به تدعون ﴿٢٧﴾
قل أرأيتم إن أهلكني الله ومن معي أو
رحمنا فمن يجير الكافرين من عذاب أليم ﴿٢٨﴾
قل هو الرحمن آمنا به وعليه توكلنا فستعلمون
من هو في ضلال مبين ﴿٢٩﴾
قل أرأيتم إن أصبح ماؤكم غورا فمن
يأتيكم بماء معين ﴿٣٠﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

2. Per la inkujo kaj per la plumo kaj per tio, kion ili skribas!

نٓ وَالْقَلَمِ وَمَا يَسْطُرُوْنَ ﴿٢﴾

3. Per la graco de via Sinjoro vi ne estas frenezulo,

مَآ اَنْتَ بِنِعْمَةِ رَبِّكَ بِمَجْنُوْنٍ ﴿٣﴾

4. kaj por vi certe estos senfina rekompenco,

وَاِنَّ لَكَ لَاَجْرًا غَيْرَ مَمْنُوْنٍ ﴿٤﴾

5. kaj vi certe posedas eminente noblan animon.

وَاِنَّكَ لَعَلٰى خُلُقٍ عَظِيْمٍ ﴿٥﴾

6. Vi vidos kaj ili vidos,

فَسَتُبْصِرُ وَيُبْصِرُوْنَ ﴿٦﴾

7. kiu el vi estas la frenezulo;

بِاَيِّكُمُ الْمَفْتُوْنُ ﴿٧﴾

8. vere via Sinjoro scias bone, kiu devojiĝis de Lia afero, kaj Li bone konas la gvidatojn.

اِنَّ رَبَّكَ هُوَ اَعْلَمُ بِمَنْ ضَلَّ عَنْ سَبِيْلِهٖ وَهُوَ
اَعْلَمُ بِالْمُهْتَدِيْنَ ﴿٨﴾

9. Tial ne obeu la negantojn;

فَلَا تُطِعِ الْمُكَذِّبِيْنَ ﴿٩﴾

10. ili dezirus, ke vi estu konsentema al ili, tiam ili ankaŭ estus konsentemaj al vi.

وَدُّوْا لَوْ تُدْهِنُ فَيُدْهِنُوْنَ ﴿١٠﴾

11. Ne obeu malŝatindan ĵuranton,

وَلَا تُطِعْ كُلَّ حَلَّافٍ مَّهِيْنٍ ﴿١١﴾

12. kalumnianton, kiu disvastigas kalumniojn,

هَمَّازٍ مَّشَّآءٍۭ بِنَمِيْمٍ ﴿١٢﴾

13. malhelpanton de la vero, ekscesanton, pekulon,

مَّنَّاعٍ لِّلْخَيْرِ مُعْتَدٍ اَثِيْمٍ ﴿١٣﴾

14. malbone kondutanton, krome malfidelulon,

عُتُلٍّۭ بَعْدَ ذٰلِكَ زَنِيْمٍ ﴿١٤﴾

15. nur ĉar li posedas propraĵojn kaj filojn.

اَنْ كَانَ ذَا مَالٍ وَّبَنِيْنَ ﴿١٥﴾

اِذَا تُتْلٰى عَلَيْهِ اٰيٰتُنَا قَالَ اَسَاطِيْرُ الْاَوَّلِيْنَ ﴿١٦﴾

سَنَسِمُهٗ عَلَى الْخُرْطُوْمِ ﴿١٧﴾

16. Kiam estas proklamataj al li Niaj revelacioj, li diras: ''Fabeloj de la prauloj! ''.

17. Ni metas neforigeblan signon sur lian nazon.

18. Ni elprovas ilin, kiel Ni elprovis la loĝantojn de l' ĝardeno, kiam ili ĵuris, ke ili rikoltos ĝiajn fruktojn la sekvontan matenon,

19. kaj ne faris iun ajn escepton.*

20. Uragano de via Sinjoro trafis ĝin, dum ili dormis,

21. tiel ke ĝi fariĝis kvazaŭ dezertigita;

22. tiam ili vokis unu la alian la sekvantan matenon:

23. ''Iru frumatene sur vian kampon, se vi volas rikolti! ''

24. kaj ili ekiris kaj flustris unu al la alia:

25. ''Ne eniru ĝin hodiaŭ, por veni al vi, iu ajn malriĉulo! ''

26. kaj ili ekiris frumatene, kun la intenco esti avaraj,

27. sed, kiam ili vidis ĝin, ili diris: ''Vere ni estas en eraro!

28. Ne! Ni estas prirabitaj! ''.

29. Diris la plej bona el ili: ''Ĉu mi ne diris al vi: kial vi ne gloregas Dion? ''.

30. Nun ili diris: ''Sankta estas nia Sinjoro! Vere ni estis malpieguloj! ''.

31. Tiam sin turnis iuj el ili al la aliaj, reciproke riproĉante,

إنا بلونهم كما بلونا أصحب الجنة إذ أقسموا
ليصرمنها مصبحين ۝١٧
ولا يستثنون ۝١٨
فطاف عليها طائف من ربك وهم نائمون ۝١٩
فأصبحت كالصريم ۝٢٠
فتنادوا مصبحين ۝٢١
أن اغدوا على حرثكم إن كنتم صرمين ۝٢٢
فانطلقوا وهم يتخفتون ۝٢٣
أن لا يدخلنها اليوم عليكم مسكين ۝٢٤
وغدوا على حرد قدرين ۝٢٥
فلما رأوها قالوا إنا لضالون ۝٢٦
بل نحن محرومون ۝٢٧
قال أوسطهم ألم أقل لكم لولا تسبحون ۝٢٨
قالوا سبحن ربنا إنا كنا ظلمين ۝٢٩
فأقبل بعضهم على بعض يتلومون ۝٣٠
قالوا يويلنا إنا كنا طغين ۝٣١
عسى ربنا أن يبدلنا خيرا منها إنا إلى ربنا
رغبون ۝٣٢
كذلك العذاب ولعذاب الآخرة أكبر لو كانوا
يعلمون ۝٣٣

---

* t.e.: ili ne diris: ''Se Allah volas! '' (In-ŝāa-llā')

32. kaj ili diris: ”Ho ve al ni! Ni vere estis ribelemaj!

33. Eble nia Sinjoro ŝanĝos por ni pli bonan ĝardenon kontraŭ tiu ĉi; ni vere plorpetas tion de nia Sinjoro”.

34. Tiel estas la puno, kaj la puno en la vivo venonta estos eĉ pli terura. Se ili nur scius!

35. Por la justuloj vere estos ĉe ilia Sinjoro ĝardenoj de feliĉo.

36. Ĉu Ni traktu la submetiĝintojn kiel la kulpulojn?

37. Kion vi havas? Kiel vi juĝas?

38. Ĉu vi posedas Libron por legi el ĝi,

39. ke vi ricevos de ĝi, kion vi deziras?

40. Aŭ ĉu vi havas promesojn de Ni, devigajn ĝis la tago de la reviviĝo, ke al vi apartenos tio, kion vi volas?

41. Demandu ilin, kiu estas garantianto pri tio!

42. Aŭ ĉu ili havas idolojn? Tiam ili alportu siajn idolojn, se ili estas sinceraj.

43. En la tago, en kiu la aflikto estos evidentigita, kaj estos ordonite al ili, ke ili terenkuŝiĝu, ili ne kapablos fari tion.

44. Iliaj rigardoj estos mallevitaj kaj la honto kovros ilin, ĉar ili estis ordonitaj terenkuŝiĝi, kiam ili bonfartis, sed ili ne obeis.

45. Lasu Min do sola kun tiuj, kiuj negis tiun ĉi Nian vorton. Ni malsuprenirigos ilin, iom post iom, per vojoj, kiujn ili ne konas.

إِنَّ لِلْمُتَّقِينَ عِندَ رَبِّهِمْ جَنَّٰتِ ٱلنَّعِيمِ ﴿٣٤﴾
أَفَنَجْعَلُ ٱلْمُسْلِمِينَ كَٱلْمُجْرِمِينَ ﴿٣٥﴾
مَا لَكُمْ كَيْفَ تَحْكُمُونَ ﴿٣٦﴾
أَمْ لَكُمْ كِتَٰبٌ فِيهِ تَدْرُسُونَ ﴿٣٧﴾
إِنَّ لَكُمْ فِيهِ لَمَا تَخَيَّرُونَ ﴿٣٨﴾
أَمْ لَكُمْ أَيْمَٰنٌ عَلَيْنَا بَٰلِغَةٌ إِلَىٰ يَوْمِ ٱلْقِيَٰمَةِ إِنَّ
لَكُمْ لَمَا تَحْكُمُونَ ﴿٣٩﴾
سَلْهُمْ أَيُّهُم بِذَٰلِكَ زَعِيمٌ ﴿٤٠﴾
أَمْ لَهُمْ شُرَكَآءُ فَلْيَأْتُوا۟ بِشُرَكَآئِهِمْ إِن كَانُوا۟
صَٰدِقِينَ ﴿٤١﴾
يَوْمَ يُكْشَفُ عَن سَاقٍ وَيُدْعَوْنَ إِلَى ٱلسُّجُودِ فَلَا
يَسْتَطِيعُونَ ﴿٤٢﴾
خَٰشِعَةً أَبْصَٰرُهُمْ تَرْهَقُهُمْ ذِلَّةٌ وَقَدْ كَانُوا۟
يُدْعَوْنَ إِلَى ٱلسُّجُودِ وَهُمْ سَٰلِمُونَ ﴿٤٣﴾
فَذَرْنِى وَمَن يُكَذِّبُ بِهَٰذَا ٱلْحَدِيثِ سَنَسْتَدْرِجُهُم
مِّنْ حَيْثُ لَا يَعْلَمُونَ ﴿٤٤﴾
وَأُمْلِى لَهُمْ إِنَّ كَيْدِى مَتِينٌ ﴿٤٥﴾
أَمْ تَسْـَٔلُهُمْ أَجْرًا فَهُم مِّن مَّغْرَمٍ مُّثْقَلُونَ ﴿٤٦﴾
أَمْ عِندَهُمُ ٱلْغَيْبُ فَهُمْ يَكْتُبُونَ ﴿٤٧﴾
فَٱصْبِرْ لِحُكْمِ رَبِّكَ وَلَا تَكُن كَصَاحِبِ ٱلْحُوتِ
إِذْ نَادَىٰ وَهُوَ مَكْظُومٌ ﴿٤٨﴾
لَّوْلَآ أَن تَدَٰرَكَهُۥ نِعْمَةٌ مِّن رَّبِّهِۦ لَنُبِذَ بِٱلْعَرَآءِ

46. Ni konsentas al ili prokraston, ĉar Nia projekto estas fiksita.

وَهُوَ مَذْمُومٌ ۝

47. Ĉu vi postulis rekompencon de ili, tiel ke ili nun estas premataj de la ŝarĝo de siaj ŝuldoj?

فَاجْتَبٰهُ رَبُّهٗ فَجَعَلَهٗ مِنَ الصّٰلِحِيْنَ ۝

وَاِنْ يَّكَادُ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا لَيُزْلِقُوْنَكَ بِاَبْصَارِهِمْ

48. Ĉu la Nevideblaĵo estas ĉe ili, tiel ke ili povas skribi Ĝin?

لَمَّا سَمِعُوا الذِّكْرَ وَيَقُوْلُوْنَ اِنَّهٗ لَمَجْنُوْنٌ ۝

وَمَا هُوَ اِلَّا ذِكْرٌ لِّلْعٰلَمِيْنَ ۝

49. Atendu do pacience la juĝon de via Sinjoro kaj ne estu kiel la loĝanto de la fiŝego, kiam li vokis, afliktita.

50. Se lin ne estus atinginta la graco de lia Sinjoro, li certe estus ĵetita sur dezertan marbordon, humiligita.

51. Lia Sinjoro tamen elektis lin kaj faris lin justulo.

52. Preskaŭ faligus vin la miskredantoj per siaj koleraj rigardoj, kiam ili aŭdas la admonon kaj ili diras: "Vere li estas frenezulo!".

53. Ĝi tamen estas nur admono por ĉiuj nacioj.

Ĉapitro 69 **Al-Hākka** (La Neeviteblaĵo) 29-a parto




*revelaciita en Mekko*

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ۝

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

اَلْحَآقَّةُ ۝

2. La Neeviteblaĵo!

مَا الْحَآقَّةُ ۝

3. Kio estas la Neeviteblaĵo?

وَمَآ اَدْرٰىكَ مَا الْحَآقَّةُ ۝

4. Kio igas vin kompreni, kio estas la Neeviteblaĵo?

كَذَّبَتْ ثَمُوْدُ وَعَادٌ بِالْقَارِعَةِ ۝

5. La Tamudoj kaj la Aadanoj negis la tujan malfeliĉon.

فَاَمَّا ثَمُوْدُ فَاُهْلِكُوْا بِالطَّاغِيَةِ ۝

6. Pri tio, kio koncernas la Tamudojn: ili estis neniigitaj per terura fulmotondro.

7. Pri tio, kio koncernas la Aadanojn: ili estis neniigitaj per fortega ventego,

8. kiun Li igis furiozi kontraŭ ili sep noktojn kaj ok tagojn senĉese, tiel ke vi estus povinta vidi la popolon, streĉitan sur la tero, kvazaŭ ili estus malplenaj trunkoj de daktilpalmoj.

9. Ĉu vi do nun vidis iun ajn restaĵon de ili?

10. Faraono kaj tiuj, kiuj estis antaŭ li, kaj la urboj detruitaj, estis malpiegaj.

11. Ili estis ribelemaj kontraŭ la sendito de ilia propra Sinjoro, tial Li ekkaptis ilin per sufokanta preno.

12. Vere, kiam ŝvelis la akvoj, Ni portis vin per la arkeo,

13. por fari el ĝi admonilon por vi, por ke tenu ĝin ĉiu orelo, kiu kapablas teni ĝin.

14. Kiam estos blovite en la trumpeton per unu blovego,

15. kaj la tero estos levita kune kun la montoj, kaj poste estos elĵetita tute tuje,

16. kaj en tiu tago okazos la okazontaĵo,

17. kaj la ĉielo fendiĝos kaj en tiu tago ĝi disrompiĝos en pecojn,

18. kaj la anĝeloj staros je ĝiaj flankoj, kaj en tiu tago ok anĝeloj portos la Tronon de via Sinjoro.

19. En tiu tago vi estos kunvenigitaj kaj neniu el viaj sekretoj restos kaŝita.

20. Pri tiu, al kiu estos donita la libro de

وَأَمَّا عَادٌ فَأُهْلِكُوا بِرِيحٍ صَرْصَرٍ عَاتِيَةٍ ﴿٧﴾
سَخَّرَهَا عَلَيْهِمْ سَبْعَ لَيَالٍ وَثَمَانِيَةَ أَيَّامٍ
حُسُومًا فَتَرَى الْقَوْمَ فِيهَا صَرْعَىٰ كَأَنَّهُمْ أَعْجَازُ
نَخْلٍ خَاوِيَةٍ ﴿٨﴾
فَهَلْ تَرَىٰ لَهُم مِّن بَاقِيَةٍ ﴿٩﴾
وَجَاءَ فِرْعَوْنُ وَمَن قَبْلَهُ وَالْمُؤْتَفِكَاتُ بِالْخَاطِئَةِ ﴿١٠﴾
فَعَصَوْا رَسُولَ رَبِّهِمْ فَأَخَذَهُمْ أَخْذَةً رَّابِيَةً ﴿١١﴾
إِنَّا لَمَّا طَغَى الْمَاءُ حَمَلْنَاكُمْ فِي الْجَارِيَةِ ﴿١٢﴾
لِنَجْعَلَهَا لَكُمْ تَذْكِرَةً وَتَعِيَهَا أُذُنٌ وَاعِيَةٌ ﴿١٣﴾
فَإِذَا نُفِخَ فِي الصُّورِ نَفْخَةٌ وَاحِدَةٌ ﴿١٤﴾
وَحُمِلَتِ الْأَرْضُ وَالْجِبَالُ فَدُكَّتَا دَكَّةً وَاحِدَةً ﴿١٥﴾
فَيَوْمَئِذٍ وَقَعَتِ الْوَاقِعَةُ ﴿١٦﴾
وَانشَقَّتِ السَّمَاءُ فَهِيَ يَوْمَئِذٍ وَاهِيَةٌ ﴿١٧﴾
وَالْمَلَكُ عَلَىٰ أَرْجَائِهَا وَيَحْمِلُ عَرْشَ رَبِّكَ فَوْقَهُمْ
يَوْمَئِذٍ ثَمَانِيَةٌ ﴿١٨﴾
يَوْمَئِذٍ تُعْرَضُونَ لَا تَخْفَىٰ مِنكُمْ خَافِيَةٌ ﴿١٩﴾
فَأَمَّا مَنْ أُوتِيَ كِتَابَهُ بِيَمِينِهِ فَيَقُولُ هَاؤُمُ اقْرَءُوا
كِتَابِيَهْ ﴿٢٠﴾
إِنِّي ظَنَنتُ أَنِّي مُلَاقٍ حِسَابِيَهْ ﴿٢١﴾
فَهُوَ فِي عِيشَةٍ رَّاضِيَةٍ ﴿٢٢﴾
فِي جَنَّةٍ عَالِيَةٍ ﴿٢٣﴾
قُطُوفُهَا دَانِيَةٌ ﴿٢٤﴾

liaj agoj en la manon dekstran, sciu, ke li diros: "Jen! Legu mian libron!

21. Vere mi ĉiam supozis, ke mi iam renkontos ĉi tiun juĝon".

22. Tiel, li troviĝos en agrabla vivo,

23. en alta ĝardeno,

24. kies fruktoj estos facile atingeblaj:

25. "Manĝu kaj trinku en kvieto pro tio, kion vi faris en la tagoj pasintaj".

26. Pri tiu, al kiu estos donita la libro de liaj agoj en la manon maldekstran, sciu, ke li diros: "Ho! se mi ne estus ricevinta mian libron!

27. Se mi neniam estus eksciinta, kia estas mia juĝo!

28. Ho, se la morto estus neniiginta min!

29. Neniom utilis al mi miaj propraĵoj,

30. min forlasis mia povo! ".

31. "Ekprenu kaj ligu lin

32. poste ĵetu lin en la Inferon,

33. poste ligu lin per ĉeno, sepdek kubutojn longa;

34. li ja vere ne kredis je Allah, la Grandega,

35. kaj li neniam invitis por nutri la malriĉulojn,

36. tial ne estas por li hodiaŭ iu ajn amiko

37. nek nutraĵo, krom miksaĵo el akvo kaj sango,

38. kiun manĝas nur la pekuloj".

---

كُلُوا وَاشْرَبُوا هَنِيٓـًٔا بِمَآ أَسْلَفْتُمْ فِى الْأَيَّامِ
الْخَالِيَةِ ﴿٢٤﴾
وَأَمَّا مَنْ أُوتِىَ كِتَٰبَهُۥ بِشِمَالِهِۦ فَيَقُولُ يَٰلَيْتَنِى
لَمْ أُوتَ كِتَٰبِيَهْ ﴿٢٥﴾
وَلَمْ أَدْرِ مَا حِسَابِيَهْ ﴿٢٦﴾
يَٰلَيْتَهَا كَانَتِ الْقَاضِيَةَ ﴿٢٧﴾
مَآ أَغْنَىٰ عَنِّى مَالِيَهْ ﴿٢٨﴾
هَلَكَ عَنِّى سُلْطَٰنِيَهْ ﴿٢٩﴾
خُذُوهُ فَغُلُّوهُ ﴿٣٠﴾
ثُمَّ الْجَحِيمَ صَلُّوهُ ﴿٣١﴾
ثُمَّ فِى سِلْسِلَةٍ ذَرْعُهَا سَبْعُونَ ذِرَاعًا فَاسْلُكُوهُ ﴿٣٢﴾
إِنَّهُۥ كَانَ لَا يُؤْمِنُ بِاللَّهِ الْعَظِيمِ ﴿٣٣﴾
وَلَا يَحُضُّ عَلَىٰ طَعَامِ الْمِسْكِينِ ﴿٣٤﴾
فَلَيْسَ لَهُ الْيَوْمَ هَٰهُنَا حَمِيمٌ ﴿٣٥﴾
وَلَا طَعَامٌ إِلَّا مِنْ غِسْلِينٍ ﴿٣٦﴾
لَّا يَأْكُلُهُۥٓ إِلَّا الْخَٰطِـُٔونَ ﴿٣٧﴾

فَلَآ أُقْسِمُ بِمَا تُبْصِرُونَ ﴿٣٨﴾
وَمَا لَا تُبْصِرُونَ ﴿٣٩﴾
إِنَّهُۥ لَقَوْلُ رَسُولٍ كَرِيمٍ ﴿٤٠﴾
وَمَا هُوَ بِقَوْلِ شَاعِرٍ قَلِيلًا مَّا تُؤْمِنُونَ ﴿٤١﴾

39. Ne! Mi ĵuras per tio, kion vi vidas

40. kaj per tio, kion vi ne vidas:

41. tio ĉi estas la vorto de nobla sendito,

42. kaj ĝi ne estas la vorto de poeto. Malmulte estas, kion vi kredas!

43. Ĝi ankaŭ ne estas la vorto de divenisto. Malmulte estas, kion vi pripensas!

44. Revelacio de la Sinjoro de l' Universo!

45. Se li tamen estus alskribinta al Ni iujn vortojn,

46. tiam Ni certe estus ekkaptinta lin per Nia mano dekstra,

47. poste Ni estus tranĉinta lian korvejnon,

48. kaj neniu el ili estus povinta haltigi Nin for de li.

49. Vere, ĝi estas admonilo por la justuloj

50. kaj Ni vere scias, ke inter vi estas kelkaj mensoguloj,

51. kaj tio certe estos kaŭzo por malespero por la miskredantoj.

52. Vere, ĝi estas la vero mem,

53. tial gloregu la nomon de via Sinjoro, de la Grandega.

وَلَا بِقَوْلِ كَاهِنٍ ۚ قَلِيلًا مَّا تَذَكَّرُونَ ﴿٤٢﴾
تَنْزِيلٌ مِّنْ رَّبِّ الْعٰلَمِيْنَ ﴿٤٣﴾
وَلَوْ تَقَوَّلَ عَلَيْنَا بَعْضَ الْأَقَاوِيلِ ﴿٤٤﴾
لَأَخَذْنَا مِنْهُ بِالْيَمِينِ ﴿٤٥﴾
ثُمَّ لَقَطَعْنَا مِنْهُ الْوَتِينَ ﴿٤٦﴾
فَمَا مِنْكُمْ مِّنْ أَحَدٍ عَنْهُ حٰجِزِينَ ﴿٤٧﴾
وَإِنَّهُ لَتَذْكِرَةٌ لِّلْمُتَّقِينَ ﴿٤٨﴾
وَإِنَّا لَنَعْلَمُ أَنَّ مِنْكُمْ مُّكَذِّبِينَ ﴿٤٩﴾
وَإِنَّهُ لَحَسْرَةٌ عَلَى الْكٰفِرِينَ ﴿٥٠﴾
وَإِنَّهُ لَحَقُّ الْيَقِينِ ﴿٥١﴾
فَسَبِّحْ بِاسْمِ رَبِّكَ الْعَظِيمِ ﴿٥٢﴾

سُورَةُ الْمَعَارِجِ مَكِّيَّةٌ (٧٠)

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ①

2. Demandanto demandas pri la puno, kiu trafos

سَأَلَ سَائِلٌ بِعَذَابٍ وَاقِعٍ ②

3. la miskredantojn – neniu povas malhelpi ĝin –

لِّلْكَافِرِينَ لَيْسَ لَهُ دَافِعٌ ③

4. de Allah, la Majstro de la ĉieliro.

مِّنَ اللَّهِ ذِي الْمَعَارِجِ ④

5. Al Li supreniras la anĝeloj kaj la spirito en tago, kies daŭro estos kvindekmil jaroj;

تَعْرُجُ الْمَلَائِكَةُ وَالرُّوحُ إِلَيْهِ فِي يَوْمٍ كَانَ مِقْدَارُهُ خَمْسِينَ أَلْفَ سَنَةٍ ⑤

6. tial persistu en konvena pacienco.

فَاصْبِرْ صَبْرًا جَمِيلًا ⑥

7. Ili supozas, ke ĝi estas malproksima,

إِنَّهُمْ يَرَوْنَهُ بَعِيدًا ⑦

8. sed Ni vidas: ĝi estas proksima.

وَنَرَاهُ قَرِيبًا ⑧

9. En la tago, en kiu la ĉielo estos kvazaŭ fandita ferŝtono.

يَوْمَ تَكُونُ السَّمَاءُ كَالْمُهْلِ ⑨

10. kaj la montoj estos kvazaŭ tinkturitaj lanflokoj,

وَتَكُونُ الْجِبَالُ كَالْعِهْنِ ⑩

11. kaj neniu amiko demandos pri la amiko.

وَلَا يَسْأَلُ حَمِيمٌ حَمِيمًا ⑪

12. Ili estos kunvenigitaj tiel, ke ili vidos unu la alian, kaj la kulpulo volos elaĉeti sin de la puno en tiu tago per fordono de siaj filoj

يُبَصَّرُونَهُمْ يَوَدُّ الْمُجْرِمُ لَوْ يَفْتَدِي مِنْ عَذَابِ يَوْمِئِذٍ بِبَنِيهِ ⑫

13. kaj de sia edzino kaj de sia frato

وَصَاحِبَتِهِ وَأَخِيهِ ⑬

14. kaj de ŝia tribo, kiu gastigis lin

وَفَصِيلَتِهِ الَّتِي تُؤْوِيهِ ⑭

15. kaj de ĉiuj, kiuj estas sur la tero, dezirante, ke tio savu lin mem.

وَمَن فِي الْأَرْضِ جَمِيعًا ثُمَّ يُنجِيهِ ⑮

كَلَّا إِنَّهَا لَظَىٰ ⑯

نَزَّاعَةً لِّلشَّوَىٰ ⑰

* v. la verson 4an

16. Ne! Ĝi estas fajro flamanta,

تَدْعُوا مَنْ أَدْبَرَ وَتَوَلَّىٰ ﴿١٨﴾

17. kiu senhaŭtigos iliajn kraniojn.

وَجَمَعَ فَأَوْعَىٰ ﴿١٩﴾

18. Ĝi vokos tiujn, kiuj turnis sin for kaj malproksimiĝis de la vero

إِنَّ الْإِنسَانَ خُلِقَ هَلُوعًا ﴿٢٠﴾

19. kaj amasigis kaj fariĝis avaraj.

إِذَا مَسَّهُ الشَّرُّ جَزُوعًا ﴿٢١﴾

20. Vere la homo estis kreita avida;

وَإِذَا مَسَّهُ الْخَيْرُ مَنُوعًا ﴿٢٢﴾

21. kiam lin trafas malfeliĉo, li plendas,

إِلَّا الْمُصَلِّينَ ﴿٢٣﴾

22. kaj kiam lin trafas feliĉo, li fariĝas malvirta.

الَّذِينَ هُمْ عَلَىٰ صَلَاتِهِمْ دَائِمُونَ ﴿٢٤﴾

23. Alie estas la preĝantoj,

وَالَّذِينَ فِي أَمْوَالِهِمْ حَقٌّ مَّعْلُومٌ ﴿٢٥﴾

24. tiuj, kiuj estas persistaj je la preĝo,

لِّلسَّائِلِ وَالْمَحْرُومِ ﴿٢٦﴾

25. kaj tiuj, en kies propraĵoj estas parto destinita

وَالَّذِينَ يُصَدِّقُونَ بِيَوْمِ الدِّينِ ﴿٢٧﴾

26. por la almozulo kaj por la malriĉulo hontema.

وَالَّذِينَ هُم مِّنْ عَذَابِ رَبِّهِم مُّشْفِقُونَ ﴿٢٨﴾

27. Tiuj, kiuj sincere proklamas vera la tagon de la lasta juĝo,

إِنَّ عَذَابَ رَبِّهِمْ غَيْرُ مَأْمُونٍ ﴿٢٩﴾

وَالَّذِينَ هُمْ لِفُرُوجِهِمْ حَافِظُونَ ﴿٣٠﴾

28. kaj tiuj, kiuj timas la punon de sia Sinjoro,

إِلَّا عَلَىٰ أَزْوَاجِهِمْ أَوْ مَا مَلَكَتْ أَيْمَانُهُمْ فَإِنَّهُمْ

29. -- vere kontraŭ la puno de sia Sinjoro neniu estas sekura —

غَيْرُ مَلُومِينَ ﴿٣١﴾

30. kaj kiuj gardas sian ĉastecon,

فَمَنِ ابْتَغَىٰ وَرَاءَ ذَٰلِكَ فَأُولَٰئِكَ هُمُ الْعَادُونَ ﴿٣٢﴾

31. krom rilate al siaj edzinoj aŭ al tiuj, kiujn posedas ilia mano dekstra: ili ne estas riproĉindaj.

وَالَّذِينَ هُمْ لِأَمَانَاتِهِمْ وَعَهْدِهِمْ رَاعُونَ ﴿٣٣﴾

وَالَّذِينَ هُم بِشَهَادَاتِهِمْ قَائِمُونَ ﴿٣٤﴾

32. Tiuj tamen, kiuj strebas al pli ol tio, estas ekscesantoj.

وَالَّذِينَ هُمْ عَلَىٰ صَلَاتِهِمْ يُحَافِظُونَ ﴿٣٥﴾

33. Tiuj, kiuj respektas tion, kio estis konfidita al ili, kaj sian aliancon,

أُولَٰئِكَ فِي جَنَّاتٍ مُّكْرَمُونَ ﴿٣٦﴾

34. kaj tiuj, kiuj estas sinceraj je siaj atestaĵoj,

35. kaj tiuj, kiuj plenumas sian preĝon,

36. estos en ĝardenoj, honorigitaj.

37. Kio tamen estas pri la miskredantoj, kiuj kuras al vi

38. de la dekstra kaj de la maldekstra flanko, en vicoj?

39. Ĉu esperas ĉiu el ili, ke ili estos enirigitaj en la ĝardenon de la feliĉo?

40. Neniam! Ni kreis ilin, por ke ili sciu,

41. sed ne! Mi ĵuras per la Sinjoro de la Orientoj kaj de la Okcidentoj, ke Ni povas

42. estigi aliajn pli bonajn anstataŭ ili, kaj neniu povus malhelpi Nin fari tion.

43. Lasu ilin do disputi vane kaj amuziĝi, ĝis ili renkontos la tagon, pri kiu estis minacite al ili,

44. la tagon, en kiu ili eliros el siaj tomboj en urĝo, kvazaŭ ili rapidus al iu celo.

45. Iliaj rigardoj estos mallevitaj, la honto kovros ilin. Tiu estos la tago, pri kiu estis minacite al ili.

فَمَالِ الَّذِينَ كَفَرُوا قِبَلَكَ مُهْطِعِينَ ۝٣٦

عَنِ الْيَمِينِ وَعَنِ الشِّمَالِ عِزِينَ ۝٣٧

أَيَطْمَعُ كُلُّ امْرِئٍ مِّنْهُمْ أَن يُدْخَلَ جَنَّةَ نَعِيمٍ ۝٣٨

كَلَّا ۖ إِنَّا خَلَقْنَاهُم مِّمَّا يَعْلَمُونَ ۝٣٩

فَلَا أُقْسِمُ بِرَبِّ الْمَشَارِقِ وَالْمَغَارِبِ إِنَّا لَقَادِرُونَ ۝٤٠

عَلَىٰ أَن نُّبَدِّلَ خَيْرًا مِّنْهُمْ وَمَا نَحْنُ بِمَسْبُوقِينَ ۝٤١

فَذَرْهُمْ يَخُوضُوا وَيَلْعَبُوا حَتَّىٰ يُلَاقُوا يَوْمَهُمُ

الَّذِي يُوعَدُونَ ۝٤٢

يَوْمَ يَخْرُجُونَ مِنَ الْأَجْدَاثِ سِرَاعًا كَأَنَّهُمْ إِلَىٰ

نُصُبٍ يُوفِضُونَ ۝٤٣

خَاشِعَةً أَبْصَارُهُمْ تَرْهَقُهُمْ ذِلَّةٌ ۚ ذَٰلِكَ الْيَوْمُ

الَّذِي كَانُوا يُوعَدُونَ ۝٤٤




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema,

2. Vere Ni sendis Noan al lia popolo: "Admonu vian popolon, antaŭ ol venos sur ĝin dolora puno".

3. Li diris: "Ho mia popolo!. Mi vere estas por vi klariga admonanto,

4. por ke vi adoru Allahon kaj respektegu Lin kaj obeu min.

5. Li pardonos al vi viajn pekojn kaj konsentos al vi prokraston, ĝis fiksita limtempo. Vere la limtempo de Allah, kiam ĝi venas, ne plu povas esti prokrastata - se vi nur scius!

6. Li diris: "Mia Sinjoro, mi vere vokis mian popolon, nokte kaj tage,

7. sed mia vokado nur pliigis ilian malŝatemon.

8. Ĉiam, kiam mi vokis ilin, dirante, ke Vi pardonos al ili, ili metis siajn fingrojn en siajn orelojn kaj implikis sin per siaj vestaĵoj kaj persistis je l' peko kaj fariĝis ege arogantaj.

9. Poste mi vere vokis ilin malkaŝe,

10. poste mi vere predikis al ili publike, kaj parolis ankaŭ al ili sekrete,

11. kaj mi diris: "Petu pardonon de via Sinjoro. Vere Li kutimas esti senkulpigema,

12. Li sendos pluvon sur vin, abundan,

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ

إِنَّآ أَرْسَلْنَا نُوحًا إِلَىٰ قَوْمِهِۦٓ أَنْ أَنذِرْ قَوْمَكَ مِن
قَبْلِ أَن يَأْتِيَهُمْ عَذَابٌ أَلِيمٌ ﴿١﴾
قَالَ يَٰقَوْمِ إِنِّى لَكُمْ نَذِيرٌ مُّبِينٌ ﴿٢﴾
أَنِ ٱعْبُدُوا۟ ٱللَّهَ وَٱتَّقُوهُ وَأَطِيعُونِ ﴿٣﴾
يَغْفِرْ لَكُم مِّن ذُنُوبِكُمْ وَيُؤَخِّرْكُمْ إِلَىٰٓ أَجَلٍ
مُّسَمًّى إِنَّ أَجَلَ ٱللَّهِ إِذَا جَآءَ لَا يُؤَخَّرُ لَوْ كُنتُمْ
تَعْلَمُونَ ﴿٤﴾
قَالَ رَبِّ إِنِّى دَعَوْتُ قَوْمِى لَيْلًا وَنَهَارًا ﴿٥﴾
فَلَمْ يَزِدْهُمْ دُعَآءِىٓ إِلَّا فِرَارًا ﴿٦﴾
وَإِنِّى كُلَّمَا دَعَوْتُهُمْ لِتَغْفِرَ لَهُمْ جَعَلُوٓا۟ أَصَٰبِعَهُمْ
فِىٓ ءَاذَانِهِمْ وَٱسْتَغْشَوْا۟ ثِيَابَهُمْ وَأَصَرُّوا۟ وَٱسْتَكْبَرُوا۟
ٱسْتِكْبَارًا ﴿٧﴾
ثُمَّ إِنِّى دَعَوْتُهُمْ جِهَارًا ﴿٨﴾
ثُمَّ إِنِّىٓ أَعْلَنتُ لَهُمْ وَأَسْرَرْتُ لَهُمْ إِسْرَارًا ﴿٩﴾
فَقُلْتُ ٱسْتَغْفِرُوا۟ رَبَّكُمْ إِنَّهُۥ كَانَ غَفَّارًا ﴿١٠﴾
يُرْسِلِ ٱلسَّمَآءَ عَلَيْكُم مِّدْرَارًا ﴿١١﴾
وَيُمْدِدْكُم بِأَمْوَٰلٍ وَبَنِينَ وَيَجْعَل لَّكُمْ جَنَّٰتٍ
وَيَجْعَل لَّكُمْ أَنْهَٰرًا ﴿١٢﴾

13. kaj Li plifortigos vin je la propraĵoj kaj je la filoj, kaj donos al vi ĝardenojn, kaj estigos por vi riverojn.

14. Kio estas ĉe vi, ke vi ne atendas por ricevi saĝecon de Allah?

15. Li tamen kreis vin laŭ diversaj rangoj.

16. Ĉu vi ne vidis, kiel Allah kreis sep ĉielojn en akordo,

17. kaj metis en ilin la lunon kiel lumon kaj la sunon kiel lampon?

18. Allah igis vin kreski el la tero kvazaŭ kreskaĵoj,

19. poste Li igos vin reiri en ĝin, kaj igos vin reeliri en nova naskiĝo.

20. Allah faris por vi la teron vasta ebenaĵo,

21. por ke vi povu iri sur ĝi, sur larĝaj vojoj."

22. Noa plue diris: "Mia Sinjoro, ili ne obeis min, sed sekvis iun ulon, kies propraĵoj kaj filoj nur pliigis lian malgajnon,

23. kaj ili komplotis per terura konspiro,

24. kaj parolas tiel: "Ne forlasu viajn Diojn, ne forlasu Vadon nek Suvan, nek Jaguson nek Ja'ukon nek Nasron",*

25. ili vere devojigis multajn, tial vi plifortigu la erarantojn nur je ilia erarado"."

26. Pro iliaj pekoj ili estis dronigitaj, kaj kondukitaj en la fajron, kaj ili ne kapablis trovi helpanton kontraŭ Allah.

27. Noa diris: "Mia Sinjoro, ne postlasu sur la tero eĉ unu solan miskredanton;

مَا لَكُمْ لَا تَرْجُوْنَ لِلّٰهِ وَقَارًا ﴿١٤﴾
وَقَدْ خَلَقَكُمْ أَطْوَارًا ﴿١٥﴾
أَلَمْ تَرَوْا كَيْفَ خَلَقَ اللّٰهُ سَبْعَ سَمٰوٰتٍ طِبَاقًا ﴿١٦﴾
وَجَعَلَ الْقَمَرَ فِيْهِنَّ نُوْرًا وَّجَعَلَ الشَّمْسَ
سِرَاجًا ﴿١٧﴾
وَاللّٰهُ أَنْبَتَكُمْ مِّنَ الْأَرْضِ نَبَاتًا ﴿١٨﴾
ثُمَّ يُعِيْدُكُمْ فِيْهَا وَيُخْرِجُكُمْ إِخْرَاجًا ﴿١٩﴾
وَاللّٰهُ جَعَلَ لَكُمُ الْأَرْضَ بِسَاطًا ﴿٢٠﴾
لِّتَسْلُكُوْا مِنْهَا سُبُلًا فِجَاجًا ﴿٢١﴾ ع
قَالَ نُوْحٌ رَّبِّ إِنَّهُمْ عَصَوْنِيْ وَاتَّبَعُوْا مَنْ لَّمْ
يَزِدْهُ مَالُهٗ وَوَلَدُهٗ إِلَّا خَسَارًا ﴿٢٢﴾
وَمَكَرُوْا مَكْرًا كُبَّارًا ﴿٢٣﴾
وَقَالُوْا لَا تَذَرُنَّ اٰلِهَتَكُمْ وَلَا تَذَرُنَّ وَدًّا وَّ
لَا سُوَاعًا ۙ وَّلَا يَغُوْثَ وَيَعُوْقَ وَنَسْرًا ﴿٢٤﴾
وَقَدْ أَضَلُّوْا كَثِيْرًا ۚ وَلَا تَزِدِ الظّٰلِمِيْنَ إِلَّا
ضَلٰلًا ﴿٢٥﴾
مِمَّا خَطِيْٓـٰٔتِهِمْ أُغْرِقُوْا فَأُدْخِلُوْا نَارًا ۙ فَلَمْ يَجِدُوْا
لَهُمْ مِّنْ دُوْنِ اللّٰهِ أَنْصَارًا ﴿٢٦﴾
وَقَالَ نُوْحٌ رَّبِّ لَا تَذَرْ عَلَى الْأَرْضِ مِنَ الْكٰفِرِيْنَ
دَيَّارًا ﴿٢٧﴾
إِنَّكَ إِنْ تَذَرْهُمْ يُضِلُّوْا عِبَادَكَ وَلَا يَلِدُوْٓا إِلَّا
فَاجِرًا كَفَّارًا ﴿٢٨﴾

* Antaŭislamaj diversspecaj idoloj

28. se Vi fakte lasus ilin, ili devojigus Viajn servantojn kaj naskus nur malpiegan idaron de obstinaj miskredantoj;

29. mia Sinjoro, pardonu al mi kaj al miaj gepatroj kaj al tiu, kiu eniras kiel kredanto mian domon, kaj al la kredantoj kaj al la kredantinoj, kaj ne konsentu al la malpieguloj ion alian ol pereon".

رَبِّ اغْفِرْ لِي وَلِوَالِدَيَّ وَلِمَن دَخَلَ بَيْتِيَ مُؤْمِنًا وَ
لِّلْمُؤْمِنِينَ وَالْمُؤْمِنَاتِ وَلَا تَزِدِ الظَّالِمِينَ إِلَّا تَبَارًا






*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ

2. Diru: "Estis revelaciite al mi, ke grupo de Ĝinnoj* aŭskultis; ili diris:" Ni vere aŭskultis mirindan Koranon,

قُلْ أُوحِيَ إِلَيَّ أَنَّهُ اسْتَمَعَ نَفَرٌ مِّنَ الْجِنِّ فَقَالُوا
إِنَّا سَمِعْنَا قُرْآنًا عَجَبًا

3. kiu gvidas al la justeco, kaj ni kredas al ĝi kaj ni neniam aldonos iun rivalon al nia Sinjoro;

يَهْدِي إِلَى الرُّشْدِ فَآمَنَّا بِهِ وَلَن نُّشْرِكَ بِرَبِّنَا
أَحَدًا

4. la majesteco de nia Sinjoro vere estas eminenta, kaj Li prenis al Si nek edzinon nek filon.

وَأَنَّهُ تَعَالَىٰ جَدُّ رَبِّنَا مَا اتَّخَذَ صَاحِبَةً وَلَا وَلَدًا

5. Vere la malprudentuloj el ni kutimis diri kontraŭ Allah grandan mensogon,

وَأَنَّهُ كَانَ يَقُولُ سَفِيهُنَا عَلَى اللَّهِ شَطَطًا

6. kvankam ni supozis, ke nek homoj nek Ĝinnoj iam eldiros mensogon kontraŭ Allah.

وَأَنَّا ظَنَنَّا أَن لَّن تَقُولَ الْإِنسُ وَالْجِنُّ عَلَى اللَّهِ
كَذِبًا

7. Certe kutimis iuj el la homoj serĉi rifuĝon ĉe iuj el la Ĝinnoj, tiel ke ĉi tiuj pliigis ilin je ilia malpiececo.

وَأَنَّهُ كَانَ رِجَالٌ مِّنَ الْإِنسِ يَعُوذُونَ بِرِجَالٍ
مِّنَ الْجِنِّ فَزَادُوهُمْ رَهَقًا

8. Certe ili supozis, ke Allah neniam vekos iun ajn profeton.

وَأَنَّهُمْ ظَنُّوا كَمَا ظَنَنتُمْ أَن لَّن يَبْعَثَ اللَّهُ أَحَدًا

وَأَنَّا لَمَسْنَا السَّمَاءَ فَوَجَدْنَاهَا مُلِئَتْ حَرَسًا
شَدِيدًا وَشُهُبًا

* Grupo de Judoj kiuj venis kaŝe de Nasibajn (Irak) por aŭskulti la Profeton. La nomo Ĝinnoj signifas ĉi tie, ke temis pri superuloj.

9. Ni provis atingi la ĉielon, sed ni trovis ĝin plena de fortaj gardantoj kaj de brilegantaj flamoj.

10. Ni kutimis sidi sur seĝoj por aŭskulti. Kiu tamen nun aŭskultas, tiu trovas flamon brilegantan por si mem, en embusko.

11. Ni ne scias, ĉu estas destinita malbono por tiuj, kiuj estas sur la tero, aŭ ĉu ilia Sinjoro intencas la bonon por ili.

12. Iuj el ni estas bonfarantoj, kaj iuj el ni estas malproksimaj de tio. Inter ni ekzistas diversaj sektoj.

13. Ni scias, ke ni neniam kapablos malhelpi Allahon sur la tero, nek savi nin de Li per fuĝo.

14. Kiam ni aŭdis pri la gvidilo, ni kredis al ĝi, kaj tiu, kiu kredas je sia Sinjoro, ne timas malgajnon nek maljustecon.

15. Inter ni iuj estas submetiĝintoj, kaj aliaj malproksimiĝis de la vero". Tiuj, kiuj submetiĝis, vere trovis la rektan vojon.

16. Tiuj tamen, kiuj malproksimiĝis de la vero, estos brulaĵo de l' Infero".

17. Al tiuj, kiuj sekvas la rektan vojon, Ni donos abundan akvon por trinki,

18. por elprovi ilin per ĝi. Kiu tiam turnas sin for de la admono de sia Sinjoro, tiun Li sendos al puno kruela.

19. Ĉiuj moskeoj apartenas al Allah, tial ne alvoku iun alian, ol Allahon.

20. Kiam stariĝas la servanto de Allah por preĝi, ili amasiĝas ĉirkaŭ li, tiel ke ili preskaŭ sufokas lin.

21. Diru: "Mi nur vokas mian Sinjoron kaj ne aldonas al Li iun ajn rivalon".

وَأَنَّا كُنَّا نَقْعُدُ مِنْهَا مَقَاعِدَ لِلسَّمْعِ فَمَن يَسْتَمِعِ
الْآنَ يَجِدْ لَهُ شِهَابًا رَّصَدًا ﴿١٠﴾
وَأَنَّا لَا نَدْرِي أَشَرٌّ أُرِيدَ بِمَن فِي الْأَرْضِ أَمْ أَرَادَ
بِهِمْ رَبُّهُمْ رَشَدًا ﴿١١﴾
وَأَنَّا مِنَّا الصَّالِحُونَ وَمِنَّا دُونَ ذَٰلِكَ كُنَّا طَرَائِقَ
قِدَدًا ﴿١٢﴾
وَأَنَّا ظَنَنَّا أَن لَّن نُّعْجِزَ اللَّهَ فِي الْأَرْضِ وَلَن نُّعْجِزَهُ
هَرَبًا ﴿١٣﴾
وَأَنَّا لَمَّا سَمِعْنَا الْهُدَىٰ آمَنَّا بِهِ فَمَن يُؤْمِن
بِرَبِّهِ فَلَا يَخَافُ بَخْسًا وَلَا رَهَقًا ﴿١٤﴾
وَأَنَّا مِنَّا الْمُسْلِمُونَ وَمِنَّا الْقَاسِطُونَ فَمَنْ أَسْلَمَ
فَأُولَٰئِكَ تَحَرَّوْا رَشَدًا ﴿١٥﴾
وَأَمَّا الْقَاسِطُونَ فَكَانُوا لِجَهَنَّمَ حَطَبًا ﴿١٦﴾
وَأَن لَّوِ اسْتَقَامُوا عَلَى الطَّرِيقَةِ لَأَسْقَيْنَاهُم مَّاءً
غَدَقًا ﴿١٧﴾
لِّنَفْتِنَهُمْ فِيهِ وَمَن يُعْرِضْ عَن ذِكْرِ رَبِّهِ يَسْلُكْهُ
عَذَابًا صَعَدًا ﴿١٨﴾
وَأَنَّ الْمَسَاجِدَ لِلَّهِ فَلَا تَدْعُوا مَعَ اللَّهِ أَحَدًا ﴿١٩﴾
وَأَنَّهُ لَمَّا قَامَ عَبْدُ اللَّهِ يَدْعُوهُ كَادُوا يَكُونُونَ
عَلَيْهِ لِبَدًا ﴿٢٠﴾
قُلْ إِنَّمَا أَدْعُو رَبِّي وَلَا أُشْرِكُ بِهِ أَحَدًا ﴿٢١﴾

22. Diru: "Mi ne havas povon por utili aŭ malutili al vi".

23. Diru: "Vere, neniu povos protekti min kontraŭ Allah kaj neniam mi trovos rifuĝon krom ĉe Li.

24. Mia ofico estas nur la transdono de la revelacio de Allah kaj de Liaj senditaĵoj". Por tiu, kiu kontraŭstaras Allahon kaj Lian senditon, estos la fajro de l' Infero, tie li restos por ĉiam.

25. Kiam ili vidos tion, pri kio estis minacite al ili, tiam ili ekscios, kiu estas malforta je helpantoj kaj malgrandnombra.

26. Diru: "Mi ne scias, ĉu tio, pri kio estis minacite al vi, estas proksima, aŭ ĉu mia Sinjoro difinis por ĝi malproksiman limtempon".

27. La Scianto de la Nevideblaĵo – Li al neniu malkaŝas Siajn sekretojn,

28. krom al tiu, kiun Li mem elektas, al sendito, antaŭ kiu kaj malantaŭ kiu Li igas marŝi taĉmenton de anĝeloj,

29. por ke li sciu, ke vere ili anoncis la vortojn de sia Sinjoro. Li ĉirkaŭas ĉion, kio estas ĉe ili, kaj Li registras ĉiujn aferojn.

قُلْ إِنِّي لَا أَمْلِكُ لَكُمْ ضَرًّا وَلَا رَشَدًا ﴿٢١﴾

قُلْ إِنِّي لَن يُجِيرَنِي مِنَ اللَّهِ أَحَدٌ وَلَنْ أَجِدَ

مِن دُونِهِ مُلْتَحَدًا ﴿٢٢﴾

إِلَّا بَلَاغًا مِّنَ اللَّهِ وَرِسَالَاتِهِ ۚ وَمَن يَعْصِ اللَّهَ وَ

رَسُولَهُ فَإِنَّ لَهُ نَارَ جَهَنَّمَ خَالِدِينَ فِيهَا أَبَدًا ﴿٢٣﴾

حَتَّىٰ إِذَا رَأَوْا مَا يُوعَدُونَ فَسَيَعْلَمُونَ مَنْ

أَضْعَفُ نَاصِرًا وَأَقَلُّ عَدَدًا ﴿٢٤﴾

قُلْ إِنْ أَدْرِي أَقَرِيبٌ مَّا تُوعَدُونَ أَمْ يَجْعَلُ لَهُ

رَبِّي أَمَدًا ﴿٢٥﴾

عَالِمُ الْغَيْبِ فَلَا يُظْهِرُ عَلَىٰ غَيْبِهِ أَحَدًا ﴿٢٦﴾

إِلَّا مَنِ ارْتَضَىٰ مِن رَّسُولٍ فَإِنَّهُ يَسْلُكُ مِن بَيْنِ

يَدَيْهِ وَمِنْ خَلْفِهِ رَصَدًا ﴿٢٧﴾

لِّيَعْلَمَ أَن قَدْ أَبْلَغُوا رِسَالَاتِ رَبِّهِمْ وَأَحَاطَ بِمَا

لَدَيْهِمْ وَأَحْصَىٰ كُلَّ شَيْءٍ عَدَدًا ﴿٢٨﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ho vi, mantelkovrito!

3. Staru en preĝo preskaŭ la tutan nokton

4. escepte la duonon, aŭ eĉ malpliigu la escepton,

5. aŭ pliigu ĝin malmulte kaj eldiru la Koranon pripensante, malrapide.

6. Ni vere ŝarĝas vin per peza vorto.

7. Vere la komenco de la nokto estas la plej taŭga tempo por memdisciplino kaj por sincera eldiro;

8. certe dum la tago vi estas longtempe okupita.

9. Memoru la nomon de via Sinjoro kaj dediĉu vin al Li sindone;

10. la Sinjoro de la Oriento kaj de la Okcidento. Ne ekzistas alia Dio ol Li, tial prenu Lin kiel Protektanton.

11. Toleru pacience, kion ili diras, kaj disiĝu de ili konvene.

12. Lasu Min sola kun tiuj, kiuj negas kaj vivas en abundo; paciencu pri ili iomete.

13. Ĉe Ni estas pezaj katenoj kaj flamoj

14. kaj sufokanta manĝaĵo kaj dolora puno,

15. en la tago, en kiu tremos la tero, kaj la montoj fariĝos amasoj de disŝutita polvo.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

يٰٓاَيُّهَا الْمُزَّمِّلُ (٢)

قُمِ الَّيْلَ اِلَّا قَلِيْلًا (٣)

نِّصْفَهٗٓ اَوِ انْقُصْ مِنْهُ قَلِيْلًا (٤)

اَوْ زِدْ عَلَيْهِ وَرَتِّلِ الْقُرْاٰنَ تَرْتِيْلًا (٥)

اِنَّا سَنُلْقِيْ عَلَيْكَ قَوْلًا ثَقِيْلًا (٦)

اِنَّ نَاشِئَةَ الَّيْلِ هِيَ اَشَدُّ وَطْاً وَّاَقْوَمُ قِيْلًا (٧)

اِنَّ لَكَ فِي النَّهَارِ سَبْحًا طَوِيْلًا (٨)

وَاذْكُرِ اسْمَ رَبِّكَ وَتَبَتَّلْ اِلَيْهِ تَبْتِيْلًا (٩)

رَبُّ الْمَشْرِقِ وَالْمَغْرِبِ لَآ اِلٰهَ اِلَّا هُوَ فَاتَّخِذْهُ
وَكِيْلًا (١٠)

وَاصْبِرْ عَلٰى مَا يَقُوْلُوْنَ وَاهْجُرْهُمْ هَجْرًا جَمِيْلًا (١١)

وَذَرْنِيْ وَالْمُكَذِّبِيْنَ اُولِي النَّعْمَةِ وَمَهِّلْهُمْ قَلِيْلًا (١٢)

اِنَّ لَدَيْنَآ اَنْكَالًا وَّجَحِيْمًا (١٣)

وَّطَعَامًا ذَا غُصَّةٍ وَّعَذَابًا اَلِيْمًا (١٤)

يَوْمَ تَرْجُفُ الْاَرْضُ وَالْجِبَالُ وَكَانَتِ الْجِبَالُ
كَثِيْبًا مَّهِيْلًا (١٥)

اِنَّآ اَرْسَلْنَآ اِلَيْكُمْ رَسُوْلًا شَاهِدًا عَلَيْكُمْ كَمَآ
اَرْسَلْنَآ اِلٰى فِرْعَوْنَ رَسُوْلًا (١٦)

16. Vere Ni sendis al vi senditon, atestanton pri vi, kiel Ni sendis senditon al Faraono.

17. Faraono tamen kontraŭstaris la senditon, tial Ni ekkaptis lin per terura preno.

18. Kiel vi do volas protekti vin mem, se vi estas miskredantoj, kontraŭ la tago, en kiu la infanoj fariĝos maljunuloj,

19. en kiu la ĉielo fendiĝos? Lia promeso plenumiĝos.

20. Tiu ĉi vere estas admono. Tial ekiru, tiu, kiu volas, sur la vojon al la Sinjoro.

21. Via Sinjoro certe scias, ke vi staras en preĝo preskaŭ du trionojn de la nokto, kaj foje duonon aŭ trionon de ĝi, kaj same iuj el tiuj, kiuj estas kun vi, – kaj Allah difinas la mezuron de la nokto kaj de la tago. Li scias, ke vi ne kapablas bone kalkuli la tempon, tial Li turnis Sin favore al vi. Tial eldiru el la Korano tion, kio estas facila. Li scias, ke estas inter vi kelkaj, kiuj estas malsanaj, kaj aliaj, kiuj vojaĝas en la lando strebante al la graco de Allah, kaj aliaj, kiuj batalas por la afero de Allah. Tial eldiru el ĝi tion, kio estas facila. Levu la preĝon kaj almozdonu kaj donu al Allah belan prunton. Tion, kion viaj manoj faras por viaj animoj, vi retrovos ĉe Allah: tio estas eĉ pli bela kaj granda rekompenco. Petu pardonon de Allah. Vere Allah estas senkulpigema, pardonema.

فَعَصَىٰ فِرْعَوْنُ الرَّسُولَ فَأَخَذْنَاهُ أَخْذًا وَبِيلًا ﴿١٦﴾
فَكَيْفَ تَتَّقُونَ إِن كَفَرْتُمْ يَوْمًا يَجْعَلُ الْوِلْدَانَ
شِيبًا ﴿١٧﴾
السَّمَاءُ مُنفَطِرٌ بِهِ ۚ كَانَ وَعْدُهُ مَفْعُولًا ﴿١٨﴾
ع إِنَّ هَٰذِهِ تَذْكِرَةٌ ۖ فَمَن شَاءَ اتَّخَذَ إِلَىٰ رَبِّهِ سَبِيلًا ﴿١٩﴾
إِنَّ رَبَّكَ يَعْلَمُ أَنَّكَ تَقُومُ أَدْنَىٰ مِن ثُلُثَيِ اللَّيْلِ
وَنِصْفَهُ وَثُلُثَهُ وَطَائِفَةٌ مِّنَ الَّذِينَ مَعَكَ ۚ
وَاللَّهُ يُقَدِّرُ اللَّيْلَ وَالنَّهَارَ ۚ عَلِمَ أَن لَّن تُحْصُوهُ
فَتَابَ عَلَيْكُمْ ۖ فَاقْرَءُوا مَا تَيَسَّرَ مِنَ الْقُرْآنِ ۚ
عَلِمَ أَن سَيَكُونُ مِنكُم مَّرْضَىٰ ۙ وَآخَرُونَ يَضْرِبُونَ
فِي الْأَرْضِ يَبْتَغُونَ مِن فَضْلِ اللَّهِ ۙ وَآخَرُونَ
يُقَاتِلُونَ فِي سَبِيلِ اللَّهِ ۖ فَاقْرَءُوا مَا تَيَسَّرَ مِنْهُ ۚ وَ
أَقِيمُوا الصَّلَاةَ وَآتُوا الزَّكَاةَ وَأَقْرِضُوا اللَّهَ قَرْضًا
حَسَنًا ۚ وَمَا تُقَدِّمُوا لِأَنفُسِكُم مِّنْ خَيْرٍ تَجِدُوهُ
عِندَ اللَّهِ هُوَ خَيْرًا وَأَعْظَمَ أَجْرًا ۚ وَاسْتَغْفِرُوا
ع اللَّهَ ۖ إِنَّ اللَّهَ غَفُورٌ رَّحِيمٌ ﴿٢٠﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema. — بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ

2. Ho vi, kiu envolvis sin per la mantelo! — يَا أَيُّهَا الْمُدَّثِّرُ ﴿١﴾

3. Stariĝu kaj admonu! — قُمْ فَأَنذِرْ ﴿٢﴾

4. Gloregu vian Sinjoron, — وَرَبَّكَ فَكَبِّرْ ﴿٣﴾

5. purigu viajn vestaĵojn, — وَثِيَابَكَ فَطَهِّرْ ﴿٤﴾

6. evitu la malpuregon, — وَالرُّجْزَ فَاهْجُرْ ﴿٥﴾

7. ne estu malŝparegema, strebante al supereco; — وَلَا تَمْنُن تَسْتَكْثِرُ ﴿٦﴾

8. estu persistema por via Sinjoro. — وَلِرَبِّكَ فَاصْبِرْ ﴿٧﴾

9. Tiam, kiam estos blovite en la trumpeton, — فَإِذَا نُقِرَ فِي النَّاقُورِ ﴿٨﴾

10. tiu tago estos malĝojiga tago . — فَذَٰلِكَ يَوْمَئِذٍ يَوْمٌ عَسِيرٌ ﴿٩﴾

11. por la miskredantoj, tute alie ol facila. — عَلَى الْكَافِرِينَ غَيْرُ يَسِيرٍ ﴿١٠﴾

12. Lasu Min sola kun tiu, kiun Mi kreis, — ذَرْنِي وَمَنْ خَلَقْتُ وَحِيدًا ﴿١١﴾

13. kaj al kiu Mi konsentis abundajn propraĵojn, — وَجَعَلْتُ لَهُ مَالًا مَّمْدُودًا ﴿١٢﴾

14. kaj filojn, ĉiam ĉeestantajn, — وَبَنِينَ شُهُودًا ﴿١٣﴾

15. kaj por kiu Mi pretigis ĉian komforton. — وَمَهَّدتُّ لَهُ تَمْهِيدًا ﴿١٤﴾

16. Li tamen deziras, ke Mi donu al li plie. — ثُمَّ يَطْمَعُ أَنْ أَزِيدَ ﴿١٥﴾

17. Neniam! Li estis malamika kontraŭ Niaj revelacioj, — كَلَّا ۖ إِنَّهُ كَانَ لِآيَاتِنَا عَنِيدًا ﴿١٦﴾

18. kaj Mi surmetos al li malfeliĉon. — سَأُرْهِقُهُ صَعُودًا ﴿١٧﴾

19. Jen! Li komplotis kaj intrigis. — إِنَّهُ فَكَّرَ وَقَدَّرَ ﴿١٨﴾

20. Li estu malbenita! Kiom li intrigis!

فَقُتِلَ كَيْفَ قَدَّرَ ﴿٢٠﴾

21. Ankoraŭfoje li estu malbenita! Kiom li intrigis!

ثُمَّ قُتِلَ كَيْفَ قَدَّرَ ﴿٢١﴾

22. Poste li rigardis,

ثُمَّ نَظَرَ ﴿٢٢﴾

23. poste li sulkigis sian frunton, kaj lia vizaĝo serioziĝis,

ثُمَّ عَبَسَ وَبَسَرَ ﴿٢٣﴾

24. poste li turnis sin for kaj fieregiĝis,

ثُمَّ أَدْبَرَ وَاسْتَكْبَرَ ﴿٢٤﴾

25. kaj diris: "Tio ĉi estas nur magio, kiu estas transdonita,

فَقَالَ إِنْ هَٰذَآ إِلَّا سِحْرٌ يُؤْثَرُ ﴿٢٥﴾

26. ĉi tiu estas nur vorto homa".

إِنْ هَٰذَآ إِلَّا قَوْلُ الْبَشَرِ ﴿٢٦﴾

27. Mi baldaŭ ĵetos lin en la Inferon.

سَأُصْلِيهِ سَقَرَ ﴿٢٧﴾

28. Kio sciigas vin, kio estas la Infero?

وَمَآ أَدْرَىٰكَ مَا سَقَرُ ﴿٢٨﴾

29. Ĝi ne lasas nek indulgas al io ajn,

لَا تُبْقِي وَلَا تَذَرُ ﴿٢٩﴾

30. ĝi bruligas la homojn.

لَوَّاحَةٌ لِّلْبَشَرِ ﴿٣٠﴾

31. Ĝin gardas deknaŭ anĝeloj.

عَلَيْهَا تِسْعَةَ عَشَرَ ﴿٣١﴾

32. Ni faris gardantoj de l' fajro nur anĝelojn, kaj nur Ni difinis ilian nombron kiel pruvon por la miskredantoj, por ke atingu la kredon tiuj, al kiuj estis donita la Libro, kaj por ke pliiĝu la kredo de la kredantoj, kaj por ke ne dubu tiuj, al kiuj estis donita la Skribo, kaj la kredantoj, kaj por ke diru tiuj, en kies koroj estas malsano, kaj la miskredantoj: "Kion intencas diri Allah per tiu similaĵo? ". Tiel Allah igas erari, kiun Li volas, kaj Li gvidas, kiun Li volas. Nur Li konas la armeojn de via Sinjoro. Tiu ĉi nur estas admono por la homo.

وَمَا جَعَلْنَآ أَصْحَٰبَ النَّارِ إِلَّا مَلَٰٓئِكَةً ۙ وَمَا جَعَلْنَا
عِدَّتَهُمْ إِلَّا فِتْنَةً لِّلَّذِينَ كَفَرُوا لِيَسْتَيْقِنَ الَّذِينَ
أُوتُوا الْكِتَٰبَ وَيَزْدَادَ الَّذِينَ ءَامَنُوٓا إِيمَٰنًا ۙ وَلَا يَرْتَابَ
الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَٰبَ وَالْمُؤْمِنُونَ ۙ وَلِيَقُولَ الَّذِينَ فِي
قُلُوبِهِم مَّرَضٌ وَالْكَٰفِرُونَ مَاذَآ أَرَادَ اللَّهُ بِهَٰذَا
مَثَلًا ۚ كَذَٰلِكَ يُضِلُّ اللَّهُ مَن يَشَآءُ وَيَهْدِي مَن
يَشَآءُ ۚ وَمَا يَعْلَمُ جُنُودَ رَبِّكَ إِلَّا هُوَ ۚ وَمَا هِيَ إِلَّا
ذِكْرَىٰ لِلْبَشَرِ ﴿٣٢﴾

33. Ne! Per la luno!

كَلَّا وَالْقَمَرِ ﴿٣٣﴾

34. Per la nokto, kiam ĝi malproksimiĝas!

وَالَّيْلِ إِذْ أَدْبَرَ ﴿٣٤﴾

35. Per la tagiĝo, kiam ĝi estiĝas!

36. Vere tio estas granda malfeliĉo,

37. admono por la homo,

38. por tiu el vi, kiu volas antaŭeniri, kaj por tiu, kiu volas resti malantaŭe.

39. Ĉiu animo estas garantiaĵo, pro tio, kion ĝi faris,

40. krom tiuj je la dekstra flanko,

41. kiuj demandos unu la alian, en ĝardenoj,

42. pri la kulpuloj, dirante al ĉi tiuj:

43. "Kio kondukis vin en la fajron de l' Infero? ".

44. Ili respondos: "Ni ne estis inter la preĝantoj,

45. kaj ni ne nutris la malriĉulon,

46. kaj ni disputis vane kun la disputantoj,

47. kaj ni kutimis negi la tagon de la lasta Juĝo,

48. ĝis atingis nin la morto".

49. Tial ne utilos al ili la propeto de la propetantoj.

50. Kio estas al ili, ke ili turnas sin for de la admono,

51. kvazaŭ ili estus teruritaj azenoj,

52. kiuj fuĝas antaŭ leono?

53. Ne! Ĉiu el ili deziras, ke estu donitaj al li malvolvitaj folioj de revelacio.

54. Neniel! Ne! Ili ne timas la vivon venontan.

وَالصُّبْحِ إِذَآ أَسْفَرَ ﴿٣٤﴾

إِنَّهَا لَإِحْدَى الْكُبَرِ ﴿٣٥﴾

نَذِيرًا لِّلْبَشَرِ ﴿٣٦﴾

لِمَن شَآءَ مِنكُمْ أَن يَتَقَدَّمَ أَوْ يَتَأَخَّرَ ﴿٣٧﴾

كُلُّ نَفْسٍ بِمَا كَسَبَتْ رَهِينَةٌ ﴿٣٨﴾

إِلَّآ أَصْحَٰبَ الْيَمِينِ ﴿٣٩﴾

فِى جَنَّٰتٍ يَتَسَآءَلُونَ ﴿٤٠﴾

عَنِ الْمُجْرِمِينَ ﴿٤١﴾

مَا سَلَكَكُمْ فِى سَقَرَ ﴿٤٢﴾

قَالُوا لَمْ نَكُ مِنَ الْمُصَلِّينَ ﴿٤٣﴾

وَلَمْ نَكُ نُطْعِمُ الْمِسْكِينَ ﴿٤٤﴾

وَكُنَّا نَخُوضُ مَعَ الْخَآئِضِينَ ﴿٤٥﴾

وَكُنَّا نُكَذِّبُ بِيَوْمِ الدِّينِ ﴿٤٦﴾

حَتَّىٰٓ أَتَىٰنَا الْيَقِينُ ﴿٤٧﴾

فَمَا تَنفَعُهُمْ شَفَٰعَةُ الشَّٰفِعِينَ ﴿٤٨﴾

فَمَا لَهُمْ عَنِ التَّذْكِرَةِ مُعْرِضِينَ ﴿٤٩﴾

كَأَنَّهُمْ حُمُرٌ مُّسْتَنفِرَةٌ ﴿٥٠﴾

فَرَّتْ مِن قَسْوَرَةٍ ﴿٥١﴾

بَلْ يُرِيدُ كُلُّ امْرِئٍ مِّنْهُمْ أَن يُؤْتَىٰ صُحُفًا مُّنَشَّرَةً ﴿٥٢﴾

كَلَّا بَل لَّا يَخَافُونَ الْءَاخِرَةَ ﴿٥٣﴾

كَلَّآ إِنَّهُ تَذْكِرَةٌ ﴿٥٤﴾

55. Neniel! Tiu ĉi estas admono,

فَمَن شَاءَ ذَكَرَهُ ۝٥٥

56. do pripensu pri ĝi ĉiu, kiu volas pripensi.

وَمَا يَذْكُرُونَ إِلَّا أَن يَشَاءَ اللَّهُ هُوَ أَهْلُ التَّقْوَىٰ

57. Ili ne akceptos la admonon, antaŭ ol Allah volos. Li estas inda je la respektego kaj la Posedanto de la pardono.

وَأَهْلُ الْمَغْفِرَةِ ۝٥٦

## Ĉapitro 75 **Al-Kejama** (La reviviĝo) 29-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ۝١

2. Ne! Mi ĵuras per la tago de la reviviĝo.

لَا أُقْسِمُ بِيَوْمِ الْقِيَامَةِ ۝٢

3. Ne! Mi ĵuras per la animo, kiu kulpigas sin mem.

وَلَا أُقْسِمُ بِالنَّفْسِ اللَّوَّامَةِ ۝٣

4. Ĉu la homo supozas, ke Ni neniam kolektos liajn ostojn?

أَيَحْسَبُ الْإِنسَانُ أَلَّن نَّجْمَعَ عِظَامَهُ ۝٤

5. Vere, Ni povas kunigi eĉ liajn fingropintojn,

بَلَىٰ قَادِرِينَ عَلَىٰ أَن نُّسَوِّيَ بَنَانَهُ ۝٥

6. tamen la homo preferas plenumi malbonfarojn.

بَلْ يُرِيدُ الْإِنسَانُ لِيَفْجُرَ أَمَامَهُ ۝٦

7. Li demandas: "Kiam do estos la tago de la reviviĝo? ".

يَسْأَلُ أَيَّانَ يَوْمُ الْقِيَامَةِ ۝٧

8. Kiam la okulo estas blindigita,

فَإِذَا بَرِقَ الْبَصَرُ ۝٨

9. kaj la luno mallumiĝas,

وَخَسَفَ الْقَمَرُ ۝٩

10. kaj unuiĝas la suno kaj la luno,

وَجُمِعَ الشَّمْسُ وَالْقَمَرُ ۝١٠

11. en tiu tago diros la homo: "Kien do fuĝi? ".

يَقُولُ الْإِنسَانُ يَوْمَئِذٍ أَيْنَ الْمَفَرُّ ۝١١

كَلَّا لَا وَزَرَ ۝١٢

إِلَىٰ رَبِّكَ يَوْمَئِذٍ الْمُسْتَقَرُّ ۝١٣

12. Ne! Ne estos eliro!

13. En tiu tago nur ĉe via Sinjoro estos la rifuĝo.

14. Estos anoncite al la homo en tiu tago tio, kion li plenumis, kaj tio, kion li postlasis.

15. Ne! La homo estos atestanto kontraŭ si mem,

16. eĉ se li serĉos vanajn pretekstojn.

17. Ne movu vian langon per ĝi,* por akceli ĝin.

18. Nin vere koncernas la kolekto kaj la legado,

19. tial, kiam Ni legas ĝin, vi sekvu ties legadon.

20. Poste Nin koncernas ĝia klarigo.

21. Ne! Ne! Vi tamen amas la estantecon,

22. kaj ignoras la vivon venontan.

23. Iuj vizaĝoj brilos en tiu tago,

24. ili rigardos sian Sinjoron;

25. kaj iuj vizaĝoj malheliĝos en tiu tago,

26. ĉar ili antaŭvidos, ke ilin trafos terura malfeliĉo.

27. Jes! Kiam la animo de la mortonto atingos lian gorĝon,

28. kaj estos dirite: "Kiu estas la sorĉisto? "

29. kaj la mortonto vidos, ke estas la tempo por la disiĝo,

30. kaj en agonio femuro frotos femuron,

يُنَبَّؤُا الْإِنسَانُ يَوْمَئِذٍ بِمَا قَدَّمَ وَأَخَّرَ ﴿١٣﴾
بَلِ الْإِنسَانُ عَلَىٰ نَفْسِهِ بَصِيرَةٌ ﴿١٤﴾
وَلَوْ أَلْقَىٰ مَعَاذِيرَهُ ﴿١٥﴾
لَا تُحَرِّكْ بِهِ لِسَانَكَ لِتَعْجَلَ بِهِ ﴿١٦﴾
إِنَّ عَلَيْنَا جَمْعَهُ وَقُرْآنَهُ ﴿١٧﴾
فَإِذَا قَرَأْنَاهُ فَاتَّبِعْ قُرْآنَهُ ﴿١٨﴾
ثُمَّ إِنَّ عَلَيْنَا بَيَانَهُ ﴿١٩﴾
كَلَّا بَلْ تُحِبُّونَ الْعَاجِلَةَ ﴿٢٠﴾
وَتَذَرُونَ الْآخِرَةَ ﴿٢١﴾
وُجُوهٌ يَوْمَئِذٍ نَّاضِرَةٌ ﴿٢٢﴾
إِلَىٰ رَبِّهَا نَاظِرَةٌ ﴿٢٣﴾
وَوُجُوهٌ يَوْمَئِذٍ بَاسِرَةٌ ﴿٢٤﴾
تَظُنُّ أَن يُفْعَلَ بِهَا فَاقِرَةٌ ﴿٢٥﴾
كَلَّا إِذَا بَلَغَتِ التَّرَاقِيَ ﴿٢٦﴾
وَقِيلَ مَنْ رَاقٍ ﴿٢٧﴾
وَظَنَّ أَنَّهُ الْفِرَاقُ ﴿٢٨﴾
وَالْتَفَّتِ السَّاقُ بِالسَّاقِ ﴿٢٩﴾
إِلَىٰ رَبِّكَ يَوْمَئِذٍ الْمَسَاقُ ﴿٣٠﴾

* t.e. per ĉi tiu revelacio

| | |
|---|---|
| 31. en tiu tago li estos puŝita al sia Sinjoro. | فَلَا صَدَّقَ وَلَا صَلّٰى ﴿٣٢﴾ |
| 32. Li fakte ne akceptis la veron nek preĝis, | وَلٰكِنْ كَذَّبَ وَتَوَلّٰى ﴿٣٣﴾ |
| 33. sed negis la veron kaj turnis sin for, | ثُمَّ ذَهَبَ إِلٰٓى أَهْلِهٖ يَتَمَطّٰى ﴿٣٤﴾ |
| 34. poste iris al sia gento kun aroganta sinteno. | أَوْلٰى لَكَ فَأَوْلٰى ﴿٣٥﴾ |
| 35. "Ho ve al vi! Ve! | ثُمَّ أَوْلٰى لَكَ فَأَوْلٰى ﴿٣٦﴾ |
| 36. kaj ankoraŭfoje ve al vi! Ve! " | أَيَحْسَبُ الْإِنْسَانُ أَنْ يُّتْرَكَ سُدًى ﴿٣٧﴾ |
| 37. Ĉu la homo supozas, ke li pasos nerimarkita? | أَلَمْ يَكُ نُطْفَةً مِّنْ مَّنِيٍّ يُّمْنٰى ﴿٣٨﴾ |
| 38. Ĉu li ne estis spermoguto, kiu estis elŝprucita, | ثُمَّ كَانَ عَلَقَةً فَخَلَقَ فَسَوّٰى ﴿٣٩﴾ |
| 39. poste li fariĝis buleto de sango koaguliĝinta? Poste Li kreis kaj perfektigis lin. | فَجَعَلَ مِنْهُ الزَّوْجَيْنِ الذَّكَرَ وَالْأُنْثٰى ﴿٤٠﴾ |
| 40. Tiel Li estigis el li paron, viron kaj virinon. | أَلَيْسَ ذٰلِكَ بِقٰدِرٍ عَلٰٓى أَنْ يُّحْيِۦَ الْمَوْتٰى ﴿٤١﴾ |
| 41. Ĉu Li do ne kapablus revivigi la mortintojn? | |




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Vere estis momento por la homo, en kiu li ne estis aĵo citinda.

3. Vere Ni kreis la homon el spermoguto miksita, por elprovi lin, kaj Ni faris lin aŭdanta kaj vidanta.

4. Ni vere montris al li la vojon, ĉu nun li estas danka, ĉu sendanka.

5. Vere Ni pretigis por la miskredantoj ĉenojn, jugojn kaj flamantan fajron.

6. La justuloj male trinkos el kaliko, en kiu estos miksaĵo de Kamforo,

7. fonto, el kiu la servantoj de Allah trinkos, kaj kiun ili lasos elŝpruci en bela ŝprucado.

8. Ili plenumas siajn promesojn kaj timas la tagon, kies malfeliĉo disvastiĝas.

9. Ili nutris, pro amo al Li, la malriĉulon, la orfon kaj la malliberulon,

10. dirante: "Vere ni nutras vin pro amo al la vizaĝo de Allah; ni ne postulas de vi rekompencon nek dankon.

11. Ni timas la teruran kaj malfeliĉan tagon de nia Sinjoro".

12. Tial Allah savos ilin de la malbono de tiu tago, kaj konsentos al ili ĝojon kaj feliĉon.

13. Li rekompencos ilin pro ilia persistemo per ĝardeno kaj silkaj vestaĵoj.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾
هَلْ اَتٰى عَلَى الْاِنْسَانِ حِيْنٌ مِّنَ الدَّهْرِ لَمْ يَكُنْ
شَيْـًٔا مَّذْكُوْرًا ﴿٢﴾
اِنَّا خَلَقْنَا الْاِنْسَانَ مِنْ نُّطْفَةٍ اَمْشَاجٍ نَّبْتَلِيْهِ
فَجَعَلْنٰهُ سَمِيْعًاۢ بَصِيْرًا ﴿٣﴾
اِنَّا هَدَيْنٰهُ السَّبِيْلَ اِمَّا شَاكِرًا وَّاِمَّا كَفُوْرًا ﴿٤﴾
اِنَّآ اَعْتَدْنَا لِلْكٰفِرِيْنَ سَلٰسِلَاۡ وَاَغْلٰلًا وَّسَعِيْرًا ﴿٥﴾
اِنَّ الْاَبْرَارَ يَشْرَبُوْنَ مِنْ كَاْسٍ كَانَ مِزَاجُهَا
كَافُوْرًا ﴿٦﴾
عَيْنًا يَّشْرَبُ بِهَا عِبَادُ اللّٰهِ يُفَجِّرُوْنَهَا تَفْجِيْرًا ﴿٧﴾
يُوْفُوْنَ بِالنَّذْرِ وَيَخَافُوْنَ يَوْمًا كَانَ شَرُّهٗ
مُسْتَطِيْرًا ﴿٨﴾
وَيُطْعِمُوْنَ الطَّعَامَ عَلٰى حُبِّهٖ مِسْكِيْنًا وَّيَتِيْمًا
وَّاَسِيْرًا ﴿٩﴾
اِنَّمَا نُطْعِمُكُمْ لِوَجْهِ اللّٰهِ لَا نُرِيْدُ مِنْكُمْ جَزَآءً
وَّلَا شُكُوْرًا ﴿١٠﴾
اِنَّا نَخَافُ مِنْ رَّبِّنَا يَوْمًا عَبُوْسًا قَمْطَرِيْرًا ﴿١١﴾
فَوَقٰىهُمُ اللّٰهُ شَرَّ ذٰلِكَ الْيَوْمِ وَلَقّٰىهُمْ نَضْرَةً
وَّسُرُوْرًا ﴿١٢﴾

14. Tie ili kuŝos sur altaj litoj; tie ili ne suferos varmegon nek malvarmegon.

15. Ĝiaj ombroj estos super ili kaj ĝiaj fruktoj estos facile atingeblaj.

16. Rondiros apud ili pokaloj el arĝento kaj pokaloj el vitro,

17. diafanaj kiel vitro, tamen el arĝento, kaj ili mezuros laŭplaĉe.

18. Estos donita tie al ili, por trinki, pokalo, en kiu estos miksaĵo de zingibro.

19. En ĝi estos fonto, nomata Salsabīl.

20. Zorgos pri ili junuloj, kiuj ne maljuniĝos. Se vi vidus ilin, vi kredus ilin disŝutitaj perloj.

21. Se vi tie rigardas en iun ajn direkton, vi vidas feliĉon kaj grandan regnon.

22. Ili havos vestaĵojn el delikata verda silko kaj el peza orbrokato, kaj ili estos ornamitaj per braceletoj el arĝento, kaj ilia Sinjoro trinkigos ilin per pura trinkaĵo.

23. "Vere tio ĉi estas via rekompenco kaj via strebado estas akceptita".

24. Vere Ni mem sendis al vi la Koranon, peco post peco,

25. do atendu pacience la verdikton de via Sinjoro, kaj ne obeu al tiu el ili, kiu estas pekulo aŭ miskredanto.

26. Memoru la nomon de via Sinjoro matene kaj vespere,

27. kaj nokte do terenkuŝiĝu antaŭ Li, kaj gloregu Lin dum longa parto de la nokto.

28. Vere ĉi tiuj amas la estantecon kaj nezorgas pri la tago neevitebla.

وَجَزٰىهُمْ بِمَا صَبَرُوْا جَنَّةً وَّحَرِيْرًا ۝١٣
مُّتَّكِـِٕيْنَ فِيْهَا عَلَى الْاَرَآئِكِ ۚ لَا يَرَوْنَ فِيْهَا شَمْسًا
وَّلَا زَمْهَرِيْرًا ۝١٤
وَدَانِيَةً عَلَيْهِمْ ظِلٰلُهَا وَذُلِّلَتْ قُطُوْفُهَا تَذْلِيْلًا ۝١٥
وَيُطَافُ عَلَيْهِمْ بِاٰنِيَةٍ مِّنْ فِضَّةٍ وَّاَكْوَابٍ كَانَتْ
قَوَارِيْرَا۠ ۝١٦
قَوَارِيْرَا۠ مِنْ فِضَّةٍ قَدَّرُوْهَا تَقْدِيْرًا ۝١٧
وَيُسْقَوْنَ فِيْهَا كَاْسًا كَانَ مِزَاجُهَا زَنْجَبِيْلًا ۝١٨
عَيْنًا فِيْهَا تُسَمّٰى سَلْسَبِيْلًا ۝١٩
وَيَطُوْفُ عَلَيْهِمْ وِلْدَانٌ مُّخَلَّدُوْنَ ۚ اِذَا رَاَيْتَهُمْ
حَسِبْتَهُمْ لُؤْلُؤًا مَّنْثُوْرًا ۝٢٠
وَاِذَا رَاَيْتَ ثَمَّ رَاَيْتَ نَعِيْمًا وَّمُلْكًا كَبِيْرًا ۝٢١
عٰلِيَهُمْ ثِيَابُ سُنْدُسٍ خُضْرٌ وَّاِسْتَبْرَقٌ ۫ وَّحُلُّوْۤا
اَسَاوِرَ مِنْ فِضَّةٍ ۚ وَسَقٰىهُمْ رَبُّهُمْ شَرَابًا طَهُوْرًا ۝٢٢
اِنَّ هٰذَا كَانَ لَكُمْ جَزَآءً وَّكَانَ سَعْيُكُمْ مَّشْكُوْرًا ۝٢٣
اِنَّا نَحْنُ نَزَّلْنَا عَلَيْكَ الْقُرْاٰنَ تَنْزِيْلًا ۝٢٤
فَاصْبِرْ لِحُكْمِ رَبِّكَ وَلَا تُطِعْ مِنْهُمْ اٰثِمًا اَوْ
كَفُوْرًا ۝٢٥
وَاذْكُرِ اسْمَ رَبِّكَ بُكْرَةً وَّاَصِيْلًا ۝٢٦
وَمِنَ الَّيْلِ فَاسْجُدْ لَهٗ وَسَبِّحْهُ لَيْلًا طَوِيْلًا ۝٢٧
اِنَّ هٰٓؤُلَآءِ يُحِبُّوْنَ الْعَاجِلَةَ وَيَذَرُوْنَ وَرَآءَهُمْ
يَوْمًا ثَقِيْلًا ۝٢٨

29. Ni kreis ilin kaj fortigis ilin je ilia formo, sed, se Ni volus, Ni povus anstataŭi ilin per aliaj similaj.

نَحْنُ خَلَقْنٰهُمْ وَشَدَدْنَآ اَسْرَهُمْ وَاِذَا شِئْنَا بَدَّلْنَآ اَمْثَالَهُمْ تَبْدِيْلًا ۝٢٩

30. Ĉi tio vere estas admono, tial prenu tiu, kiu volas, la vojon al sia Sinjoro.

اِنَّ هٰذِهٖ تَذْكِرَةٌ فَمَنْ شَآءَ اتَّخَذَ اِلٰى رَبِّهٖ سَبِيْلًا ۝٣٠

31. Vi povas voli nur, se Allah volas. Vere Allah estas ĉioscia, saĝa.

وَمَا تَشَآءُوْنَ اِلَّآ اَنْ يَّشَآءَ اللّٰهُ اِنَّ اللّٰهَ كَانَ عَلِيْمًا حَكِيْمًا ۝٣١

32. Li igas eniri en Sian gracon, kiun Li volas, kaj Li pretigis por la malpieguloj doloran punon.

يُّدْخِلُ مَنْ يَّشَآءُ فِيْ رَحْمَتِهٖ وَالظّٰلِمِيْنَ اَعَدَّ لَهُمْ عَذَابًا اَلِيْمًا ۝٣٢

Ĉapitro 77 **Al-Mursalät** (La senditoj) 29-a parto

## سُوْرَةُ الْمُرْسَلٰتِ مَكِّيَّةٌ

*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ۝١

2. Per tiuj, kiuj estas senditaj kun la boneco!

وَالْمُرْسَلٰتِ عُرْفًا ۝٢

3. Poste ili daŭrigas sian agadon fortege.

فَالْعٰصِفٰتِ عَصْفًا ۝٣

4. Per la disvastigantoj de la vero, bonega disvastigo!

وَّالنّٰشِرٰتِ نَشْرًا ۝٤

5. Poste ili dividas la veron de la falso per ekkonigilo,

فَالْفٰرِقٰتِ فَرْقًا ۝٥

6. poste ili portas ĉien la admonon

فَالْمُلْقِيٰتِ ذِكْرًا ۝٦

7. por senkulpigi kaj por admoni.

عُذْرًا اَوْ نُذْرًا ۝٧

8. Vere plenumiĝos tio, kio estis promesita.

اِنَّمَا تُوْعَدُوْنَ لَوَاقِعٌ ۝٨

9. Kiam la steloj estingiĝos

فَاِذَا النُّجُوْمُ طُمِسَتْ ۝٩

10. kaj la ĉielo malfermiĝos,

وَاِذَا السَّمَآءُ فُرِجَتْ ۝١٠

11. kaj la montoj estos dispelitaj,
وَإِذَا الْجِبَالُ نُسِفَتْ ﴿١١﴾

12. kaj la senditoj atingos la difinitan tempon.
وَإِذَا الرُّسُلُ أُقِّتَتْ ﴿١٢﴾

13. Ĝis kiu tago estos prokrastitaj tiuj aferoj?
لِأَيِّ يَوْمٍ أُجِّلَتْ ﴿١٣﴾

14. Ĝis la tago de la decido.
لِيَوْمِ الْفَصْلِ ﴿١٤﴾

15. Kio sciigas al vi, kio estas la tago de la decido?
وَمَا أَدْرَاكَ مَا يَوْمُ الْفَصْلِ ﴿١٥﴾

16. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!
وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِلْمُكَذِّبِينَ ﴿١٦﴾

17. Ĉu Ni ne neniigis la praulojn?
أَلَمْ نُهْلِكِ الْأَوَّلِينَ ﴿١٧﴾

18. Poste Ni igis la posteulojn sekvi ilin.
ثُمَّ نُتْبِعُهُمُ الْآخِرِينَ ﴿١٨﴾

19. Tiel Ni agas kontraŭ la kulpuloj.
كَذَٰلِكَ نَفْعَلُ بِالْمُجْرِمِينَ ﴿١٩﴾

20. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!
وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِلْمُكَذِّبِينَ ﴿٢٠﴾

21. Ĉu Ni ne kreis vin el sensignifa fluaĵo,
أَلَمْ نَخْلُقْكُمْ مِنْ مَاءٍ مَهِينٍ ﴿٢١﴾

22. kiun Ni metis en sekuran restadejon
فَجَعَلْنَاهُ فِي قَرَارٍ مَكِينٍ ﴿٢٢﴾

23. ĝis difinita limtempo?
إِلَىٰ قَدَرٍ مَعْلُومٍ ﴿٢٣﴾

24. Nun, Ni povis fari tion. Kiel potenca Ni estas!
فَقَدَرْنَا فَنِعْمَ الْقَادِرُونَ ﴿٢٤﴾

25. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!
وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِلْمُكَذِّبِينَ ﴿٢٥﴾

26. Ĉu Ni ne faris la teron kunvenejo
أَلَمْ نَجْعَلِ الْأَرْضَ كِفَاتًا ﴿٢٦﴾

27. por la vivantoj kaj por la mortintoj?
أَحْيَاءً وَأَمْوَاتًا ﴿٢٧﴾

28. Ni estigis sur ĝi altajn montojn, kaj Ni trinkigis vin per dolĉa akvo.
وَجَعَلْنَا فِيهَا رَوَاسِيَ شَامِخَاتٍ وَأَسْقَيْنَاكُمْ مَاءً
فُرَاتًا ﴿٢٨﴾

29. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!
وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِلْمُكَذِّبِينَ ﴿٢٩﴾

30. Iru nun al tio, kion vi kutimis negi.
انْطَلِقُوا إِلَىٰ مَا كُنْتُمْ بِهِ تُكَذِّبُونَ ﴿٣٠﴾

31. Iru nun al tiu ombro, kiu havas tri branĉojn,
انْطَلِقُوا إِلَىٰ ظِلٍّ ذِي ثَلَاثِ شُعَبٍ ﴿٣١﴾

32. kiu ne donas ombron nek defendas de la flamo.

لَا ظَلِيلٍ وَلَا يُغْنِي مِنَ اللَّهَبِ

33. Ĝi vere elpelas grandajn fajrerojn, kvazaŭ turoj,

إِنَّهَا تَرْمِي بِشَرَرٍ كَالْقَصْرِ

34. kvazaŭ ili estus helflavaj kameloj.

كَأَنَّهُ جِمَالَتٌ صُفْرٌ

35. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!

وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ

36. Tiu estas tago, en kiu ili ne kapablos paroli,

هَٰذَا يَوْمُ لَا يَنطِقُونَ

37. kaj al ili ne estos permesite senkulpigi sin.

وَلَا يُؤْذَنُ لَهُمْ فَيَعْتَذِرُونَ

38. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!

وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ

39. "Tiu ĉi estas la tago de la decido. Ni kunvenigis vin kaj la antaŭulojn.

هَٰذَا يَوْمُ الْفَصْلِ جَمَعْنَاكُمْ وَالْأَوَّلِينَ

40. Se vi nun havas ruzon, uzu ĝin kontraŭ Mi".

فَإِن كَانَ لَكُمْ كَيْدٌ فَكِيدُونِ

41. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!

وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ

42. La justuloj estos inter ombroj kaj fontoj

إِنَّ الْمُتَّقِينَ فِي ظِلَالٍ وَعُيُونٍ

43. kaj fruktoj, ĝuste kiel ili deziris:

وَفَوَاكِهَ مِمَّا يَشْتَهُونَ

44. "Manĝu kaj trinku en kvieto pro tio, kion vi kutimis fari! ".

كُلُوا وَاشْرَبُوا هَنِيئًا بِمَا كُنتُمْ تَعْمَلُونَ

45. Tiel Ni vere rekompencas la bonfarantojn.

إِنَّا كَذَٰلِكَ نَجْزِي الْمُحْسِنِينَ

46. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!

وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ

47. "Manĝu kaj ĝuu iomete! Vere vi estas kulpuloj! ".

كُلُوا وَتَمَتَّعُوا قَلِيلًا إِنَّكُم مُّجْرِمُونَ

48. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!

وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ

49. Kiam estas dirite al ili: "Surgenuiĝu! ", ili ne surgenuiĝas.

وَإِذَا قِيلَ لَهُمُ ارْكَعُوا لَا يَرْكَعُونَ

50. Ve en tiu tago al la rifuzantoj!

وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ

51. Je kiu vorto, post tiu ĉi, ili volas kredi?

فَبِأَيِّ حَدِيثٍ بَعْدَهُ يُؤْمِنُونَ

* Fino de la 29-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ۝١

2. Pri kio ili demandas unu la alian?

عَمَّ يَتَسَآءَلُوْنَ ۝١

3. Pri la grandega anonco,

عَنِ النَّبَاِ الْعَظِيْمِ ۝٢

4. tiu, pri kiu ili malkonsentis.

الَّذِيْ هُمْ فِيْهِ مُخْتَلِفُوْنَ ۝٣

5. Ne! Baldaŭ ili ekscios!

كَلَّا سَيَعْلَمُوْنَ ۝٤

6. Ankoraŭfoje ne! Ili baldaŭ ekscios!

ثُمَّ كَلَّا سَيَعْلَمُوْنَ ۝٥

7. Ĉu Ni ne faris la teron kvazaŭ liton

اَلَمْ نَجْعَلِ الْاَرْضَ مِهٰدًا ۝٦

8. kaj la montojn kvazaŭ pilastrojn?

وَّالْجِبَالَ اَوْتَادًا ۝٧

9. Ni kreis vin po paroj,

وَّخَلَقْنٰكُمْ اَزْوَاجًا ۝٨

10. kaj Ni faris la dormon ripozejo por vi,

وَّجَعَلْنَا نَوْمَكُمْ سُبَاتًا ۝٩

11. kaj Ni faris la nokton kvazaŭ mantelon,

وَّجَعَلْنَا الَّيْلَ لِبَاسًا ۝١٠

12. kaj Ni faris la tagon vivteno,

وَّجَعَلْنَا النَّهَارَ مَعَاشًا ۝١١

13. kaj Ni konstruis super vi sep fortikajn ĉielojn,

وَّبَنَيْنَا فَوْقَكُمْ سَبْعًا شِدَادًا ۝١٢

14. kaj Ni kreis la brilegantan lumon,

وَّجَعَلْنَا سِرَاجًا وَّهَّاجًا ۝١٣

15. kaj Ni sendas el la nuboj abundan pluvon,

وَّاَنْزَلْنَا مِنَ الْمُعْصِرٰتِ مَآءً ثَجَّاجًا ۝١٤

16. por estigi per ĝi grenon kaj vegetaĵojn

لِّنُخْرِجَ بِهٖ حَبًّا وَّنَبَاتًا ۝١٥

17. kaj densajn ĝardenojn.

وَّجَنّٰتٍ اَلْفَافًا ۝١٦

18. Vere la tago de la decido estas difinita,

اِنَّ يَوْمَ الْفَصْلِ كَانَ مِيْقَاتًا ۝١٧

19. la tago, en kiu estos blovite en la trumpeton, kaj vi venos en vicoj,

يَّوْمَ يُنْفَخُ فِي الصُّوْرِ فَتَاْتُوْنَ اَفْوَاجًا ۝١٨

| | |
|---|---|
| 20. kaj malfermiĝos la ĉielo, kaj ĝi fariĝos, kvazaŭ ĝi konsistus nur el pordoj. | وَّفُتِحَتِ السَّمَآءُ فَكَانَتۡ اَبۡوَابًا ﴿٢٠﴾ |
| 21. Estos forpelitaj la montoj, kiuj fariĝos kvazaŭ miraĝo. | وَّسُيِّرَتِ الۡجِبَالُ فَكَانَتۡ سَرَابًا ﴿٢١﴾ |
| 22. La Infero vere estos kvazaŭ embuskejo, | اِنَّ جَهَنَّمَ كَانَتۡ مِرۡصَادًا ﴿٢٢﴾ |
| 23. hejmo por la trompantoj, | لِّلطّٰغِيۡنَ مَاٰبًا ﴿٢٣﴾ |
| 24. kiuj restos en ĝi por ĉiam. | لّٰبِثِيۡنَ فِيۡهَاۤ اَحۡقَابًا ﴿٢٤﴾ |
| 25. Tie ili ne gustumos refreŝigon nek trinkaĵon, | لَا يَذُوۡقُوۡنَ فِيۡهَا بَرۡدًا وَّلَا شَرَابًا ﴿٢٥﴾ |
| 26. nur bolantan akvon kaj malbonodoran fluaĵon, | اِلَّا حَمِيۡمًا وَّغَسَّاقًا ﴿٢٦﴾ |
| 27. justan rekompencon. | جَزَآءً وِّفَاقًا ﴿٢٧﴾ |
| 28. Vere ili ne timis la juĝon, | اِنَّهُمۡ كَانُوۡا لَا يَرۡجُوۡنَ حِسَابًا ﴿٢٨﴾ |
| 29. kaj ili tute rifuzis Niajn revelaciojn. | وَّكَذَّبُوۡا بِاٰيٰتِنَا كِذَّابًا ﴿٢٩﴾ |
| 30. Ni tamen registris ĉion en Libron: | وَكُلَّ شَىۡءٍ اَحۡصَيۡنٰهُ كِتٰبًا ﴿٣٠﴾ |
| 31. "Tial vi gustumu la punon, kaj Ni nur pliigos por vi la punon". | فَذُوۡقُوۡا فَلَنۡ نَّزِيۡدَكُمۡ اِلَّا عَذَابًا ﴿٣١﴾ |
| | اِنَّ لِلۡمُتَّقِيۡنَ مَفَازًا ﴿٣٢﴾ |
| 32. Vere por la justuloj estos feliĉo: | حَدَآئِقَ وَاَعۡنَابًا ﴿٣٣﴾ |
| 33. ĝardenoj kaj vitejoj, | وَّكَوَاعِبَ اَتۡرَابًا ﴿٣٤﴾ |
| 34. kaj virgulinoj, samaĝaj, | وَّكَاۡسًا دِهَاقًا ﴿٣٥﴾ |
| 35. kaj plenplenaj pokaloj. | لَا يَسۡمَعُوۡنَ فِيۡهَا لَغۡوًا وَّلَا كِذّٰبًا ﴿٣٦﴾ |
| 36. Tie ili ne aŭdos babiladon nek mensogojn. | جَزَآءً مِّنۡ رَّبِّكَ عَطَآءً حِسَابًا ﴿٣٧﴾ |
| 37. Tiu estas la rekompenco de via Sinjoro – donaco konvena – | رَّبِّ السَّمٰوٰتِ وَالۡاَرۡضِ وَمَا بَيۡنَهُمَا الرَّحۡمٰنِ لَا يَمۡلِكُوۡنَ مِنۡهُ خِطَابًا ﴿٣٨﴾ |
| 38. la Sinjoro de la ĉieloj kaj de la tero kaj de tio, kio estas inter ili ambaŭ, la Donema. Ili ne ricevos de Li la povon por paroli al Li. | يَوۡمَ يَقُوۡمُ الرُّوۡحُ وَالۡمَلٰٓئِكَةُ صَفًّا ۙ لَّا يَتَكَلَّمُوۡنَ اِلَّا مَنۡ اَذِنَ لَهُ الرَّحۡمٰنُ وَقَالَ صَوَابًا ﴿٣٩﴾ |

39. En la tago, en kiu stariĝos la Spirito kaj la anĝeloj en vicoj: ili ne povos paroli, krom tiu, al kiu estas permesite de la Donema, kaj kiu parolos juste.

ذٰلِكَ الْيَوْمُ الْحَقُّ ۚ فَمَنْ شَاءَ اتَّخَذَ إِلَىٰ رَبِّهِ
مَآبًا ٣٩

40. Tiu estas la tago neevitebla. Tial ekiru tiu, kiu volas, sur la vojo al sia Sinjoro.

41. Vere Ni admonis vin pri la puno proksima: la tago, en kiu la homo vidos tion, kion faris liaj manoj, kaj la miskredanto diros: "Ho, se mi almenaŭ estus polvo! ".

إِنَّا أَنْذَرْنَاكُمْ عَذَابًا قَرِيبًا ۖ يَوْمَ يَنْظُرُ الْمَرْءُ
ع مَا قَدَّمَتْ يَدَاهُ وَيَقُولُ الْكَافِرُ يَا لَيْتَنِي كُنْتُ تُرَابًا ٤٠

## Ĉapitro 79 **An-Nāze'āt** (La altirantoj) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ١

2. Per tiuj, kiuj fortege altiras al la vero!

وَالنَّازِعَاتِ غَرْقًا ٢

3. Per tiuj, kiuj ligas forte la nodojn!

وَالنَّاشِطَاتِ نَشْطًا ٣

4. Per tiuj, kiuj malpeze ŝvebas!

وَالسَّابِحَاتِ سَبْحًا ٤

5. Per tiuj, kiuj antaŭiras, antaŭirante!

فَالسَّابِقَاتِ سَبْقًا ٥

6. Per tiuj, kiuj regas la aferojn! *

فَالْمُدَبِّرَاتِ أَمْرًا ٦

7. En la tago, en kiu la tero tremanta skuiĝos,

يَوْمَ تَرْجُفُ الرَّاجِفَةُ ٧

8. kaj dua tertremo sekvos la unuan.

تَتْبَعُهَا الرَّادِفَةُ ٨

9. La koroj tremos en tiu tago

قُلُوبٌ يَوْمَئِذٍ وَاجِفَةٌ ٩

10. kaj iliaj rigardoj malleviĝos.

أَبْصَارُهَا خَاشِعَةٌ ١٠

يَقُولُونَ أَإِنَّا لَمَرْدُودُونَ فِي الْحَافِرَةِ ١١

*versoj 2a ĝis 6a priskribas anĝelojn, kiuj havas diversajn taskojn

11. Ili diras: "Ĉu ni revenos en nian antaŭ an staton?

ءَاِذَا كُنَّا عِظَامًا نَّخِرَةً ﴿١٢﴾

12. Kiel? Eĉ post kiam ni fariĝis putriĝintaj ostoj? ".

قَالُوْا تِلْكَ اِذًا كَرَّةٌ خَاسِرَةٌ ﴿١٣﴾

13. Ili diras: "Tiam tiu estus malutila reveno".

فَاِنَّمَا هِيَ زَجْرَةٌ وَّاحِدَةٌ ﴿١٤﴾

14. Estos nur unu kriego de minaco,

فَاِذَا هُمْ بِالسَّاهِرَةِ ﴿١٥﴾

15. kaj jen! Ĉiuj estos sur la supraĵo de la tero.

هَلْ اَتٰىكَ حَدِيْثُ مُوْسٰى ﴿١٦﴾

16. Ĉu atingis vin la rakonto de Moseo?

اِذْ نَادٰىهُ رَبُّهٗ بِالْوَادِ الْمُقَدَّسِ طُوًى ﴿١٧﴾

17. Kiam vokis lin lia Sinjoro en la sankta valo Tuva:

اِذْهَبْ اِلٰى فِرْعَوْنَ اِنَّهٗ طَغٰى ﴿١٨﴾

18. "Iru al Faraono, ĉar li estas ribelema,

فَقُلْ هَلْ لَّكَ اِلٰى اَنْ تَزَكّٰى ﴿١٩﴾

19. kaj diru: "Ĉu vi ne volas puriĝi?

وَاَهْدِيَكَ اِلٰى رَبِّكَ فَتَخْشٰى ﴿٢٠﴾

20. Mi kondukos vin al via Sinjoro, por ke vi timu"."

فَاَرٰىهُ الْاٰيَةَ الْكُبْرٰى ﴿٢١﴾

21. Tial li montris al li grandaj signojn,

فَكَذَّبَ وَعَصٰى ﴿٢٢﴾

22. sed tiu dubigis la veron kaj malobeis,

ثُمَّ اَدْبَرَ يَسْعٰى ﴿٢٣﴾

23. poste li turnis sian dorson por pledi,

فَحَشَرَ فَنَادٰى ﴿٢٤﴾

24. kaj li kolektis sian popolon, kaj vokis,

فَقَالَ اَنَا رَبُّكُمُ الْاَعْلٰى ﴿٢٥﴾

25. kaj diris: "Mi estas via sublima Sinjoro".

فَاَخَذَهُ اللّٰهُ نَكَالَ الْاٰخِرَةِ وَالْاُوْلٰى ﴿٢٦﴾

26. Tiam ekkaptis lin Allah kiel puno por la venonta kaj por ĉi tiu vivo.

اِنَّ فِيْ ذٰلِكَ لَعِبْرَةً لِّمَنْ يَّخْشٰى ﴿٢٧﴾

27. Vere en tio estas instruo por tiu, kiu timas.

ءَاَنْتُمْ اَشَدُّ خَلْقًا اَمِ السَّمَآءُ بَنٰىهَا ﴿٢٨﴾

رَفَعَ سَمْكَهَا فَسَوّٰىهَا ﴿٢٩﴾

28. Ĉu estas pli malfacile krei vin aŭ la ĉielon, kiun Li konstruis?

وَاَغْطَشَ لَيْلَهَا وَاَخْرَجَ ضُحٰىهَا ﴿٣٠﴾

وَالْاَرْضَ بَعْدَ ذٰلِكَ دَحٰىهَا ﴿٣١﴾

اَخْرَجَ مِنْهَا مَآءَهَا وَمَرْعٰىهَا ﴿٣٢﴾

29. Li altigis ĝian supraĵon kaj perfektigis ĝin.

وَالْجِبَالَ اَرْسٰىهَا ﴿٣٣﴾

30. Li faris ĝian nokton malluma kaj estigis ĝian taglumon.

31. Post tio Li etendis la teron,

32. kaj Li elirigis de ĝi akvon kaj ĝian paŝtejon.

33. La montojn Li ankris firme,

34. provizaĵon por vi kaj por via brutaro.

35. Kiam tamen venos la granda malfeliĉo,

36. la tago, en kiu la homo memoros ĉion, al kio li strebis,

37. kaj la Infero estos malkaŝita por la rigardantoj,

38. tiam, rilate al la kontraŭstaremulo

39. kaj al tiu, kiu preferas ĉi tiun vivon,

40. vere la flamoj de l' Infero estos lia loĝejo;

41. kaj rilate al tiu, kiu timas la staradon antaŭ sia Sinjoro, kaj moderigas sian animon kontraŭ la voluptemo,

42. vere lia loĝejo estos la Paradizo.

43. Ili demandas vin pri la Horo: "Kiam ĝi alvenos? ".

44. Kion vi tamen havas por fari pri ĝia anonco?.

45. La fina scio pri ĝi koncernas nur vian Sinjoron,

46. vi estas nur admonanto por tiu, kiu timas ĝin.

47. La tago, en kiu ili vidos ĝin, estos, kvazaŭ ili ne estus restintaj (en la mondo) pli ol unu vesperon aŭ nur la sekvantan matenon.

مَتَاعًا لَّكُمْ وَلِأَنْعَامِكُمْ ٣٣
فَإِذَا جَاءَتِ الطَّامَّةُ الْكُبْرَىٰ ٣٤
يَوْمَ يَتَذَكَّرُ الْإِنسَانُ مَا سَعَىٰ ٣٥
وَبُرِّزَتِ الْجَحِيمُ لِمَن يَرَىٰ ٣٦
فَأَمَّا مَن طَغَىٰ ٣٧
وَآثَرَ الْحَيَاةَ الدُّنْيَا ٣٨
فَإِنَّ الْجَحِيمَ هِيَ الْمَأْوَىٰ ٣٩
وَأَمَّا مَنْ خَافَ مَقَامَ رَبِّهِ وَنَهَى النَّفْسَ عَنِ
الْهَوَىٰ ٤٠
فَإِنَّ الْجَنَّةَ هِيَ الْمَأْوَىٰ ٤١
يَسْأَلُونَكَ عَنِ السَّاعَةِ أَيَّانَ مُرْسَاهَا ٤٢
فِيمَ أَنتَ مِن ذِكْرَاهَا ٤٣
إِلَىٰ رَبِّكَ مُنتَهَاهَا ٤٤
إِنَّمَا أَنتَ مُنذِرُ مَن يَخْشَاهَا ٤٥
كَأَنَّهُمْ يَوْمَ يَرَوْنَهَا لَمْ يَلْبَثُوا إِلَّا عَشِيَّةً أَوْ
ضُحَاهَا ٤٦




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ١

2. Li sulkigis la frunton kaj turnis sin for,

عَبَسَ وَتَوَلَّىٰ ٢

3. ĉar venis al li blindulo.

أَن جَاءَهُ الْأَعْمَىٰ ٣

4. Kio tamen sciigas al vi ion ajn? Li eble volas puriĝi,

وَمَا يُدْرِيكَ لَعَلَّهُ يَزَّكَّىٰ ٤

5. aŭ eble li akceptas la admonon kaj la admono utilas al li;

أَوْ يَذَّكَّرُ فَتَنفَعَهُ الذِّكْرَىٰ ٥

6. al tiu tamen, kiu estas riĉa,

أَمَّا مَنِ اسْتَغْنَىٰ ٦

7. vi dediĉas atenton,

فَأَنتَ لَهُ تَصَدَّىٰ ٧

8. kvankam vin ne koncernas, se li ne volas puriĝi.

وَمَا عَلَيْكَ أَلَّا يَزَّكَّىٰ ٨

9. Pri tiu tamen, kiu venas al vi fervore,

وَأَمَّا مَن جَاءَكَ يَسْعَىٰ ٩

10. kaj timas Dion,

وَهُوَ يَخْشَىٰ ١٠

11. vi ne zorgas.

فَأَنتَ عَنْهُ تَلَهَّىٰ ١١

12. Ne! Tio vere estas admono

كَلَّا إِنَّهَا تَذْكِرَةٌ ١٢

13. – do akceptu ĝin tiu, kiu volas –

فَمَن شَاءَ ذَكَرَهُ ١٣

14. skribita sur respektegindaj folioj,

فِي صُحُفٍ مُّكَرَّمَةٍ ١٤

15. eminentaj, puraj,

مَّرْفُوعَةٍ مُّطَهَّرَةٍ ١٥

16. en la manoj de skribistoj

بِأَيْدِي سَفَرَةٍ ١٦

17. noblaj, virtaj.

كِرَامٍ بَرَرَةٍ ١٧

18. Pereu la homo! Kiel sendanka li estas!

قُتِلَ الْإِنسَانُ مَا أَكْفَرَهُ ١٨

19. El kio Li kreis lin?

مِنْ أَيِّ شَيْءٍ خَلَقَهُ ١٩

20. El spermoguto. Li kreis kaj formis lin,

مِن نُّطْفَةٍ خَلَقَهُ فَقَدَّرَهُ ٢٠

21. poste Li faris la vojon facila por li,

ثُمَّ السَّبِيلَ يَسَّرَهُ ﴿٢١﴾

22. poste Li igas lin morti kaj destinas por li la tombon,

ثُمَّ أَمَاتَهُ فَأَقْبَرَهُ ﴿٢٢﴾

23. poste Li revekos lin, kiam Li volos.

ثُمَّ إِذَا شَآءَ أَنْشَرَهُ ﴿٢٣﴾

24. Ne! La homo ankoraŭ ne plenumis tion, kio estis ordonita al li,

كَلَّا لَمَّا يَقْضِ مَآ أَمَرَهُ ﴿٢٤﴾

25. tial rigardu do la homo sian nutraĵon,

فَلْيَنْظُرِ الْإِنْسَانُ إِلَىٰ طَعَامِهِ ﴿٢٥﴾

26. kiel Ni verŝas abundan akvon,

أَنَّا صَبَبْنَا الْمَآءَ صَبًّا ﴿٢٦﴾

27. poste sulkas la teron,

ثُمَّ شَقَقْنَا الْأَرْضَ شَقًّا ﴿٢٧﴾

28. kaj igas kreski sur ĝi la grenon

فَأَنْبَتْنَا فِيهَا حَبًّا ﴿٢٨﴾

29. kaj vinberarbojn kaj vegetaĵojn

وَعِنَبًا وَقَضْبًا ﴿٢٩﴾

30. kaj olivarbojn kaj daktilpalmojn

وَزَيْتُونًا وَنَخْلًا ﴿٣٠﴾

31. kaj densajn ĝardenojn

وَحَدَآئِقَ غُلْبًا ﴿٣١﴾

32. kaj fruktojn kaj herbon,

وَفَاكِهَةً وَأَبًّا ﴿٣٢﴾

33. provizaĵojn por vi kaj por via brutaro.

مَّتَاعًا لَّكُمْ وَلِأَنْعَامِكُمْ ﴿٣٣﴾

34. Kiam tamen alvenos la surdiganta sonego,

فَإِذَا جَآءَتِ الصَّآخَّةُ ﴿٣٤﴾

35. en la tago, en kiu la homo fuĝos de sia frato

يَوْمَ يَفِرُّ الْمَرْءُ مِنْ أَخِيهِ ﴿٣٥﴾

36. kaj de sia patrino kaj de sia patro

وَأُمِّهِ وَأَبِيهِ ﴿٣٦﴾

37. kaj de sia edzino kaj de siaj filoj,

وَصَاحِبَتِهِ وَبَنِيهِ ﴿٣٧﴾

38. en tiu tago, ĉiu havos sufiĉe da zorgoj, tiel ke li fariĝos indiferenta kontraŭ la aliaj.

لِكُلِّ امْرِئٍ مِّنْهُمْ يَوْمَئِذٍ شَأْنٌ يُغْنِيهِ ﴿٣٨﴾

39. Iuj vizaĝoj estos en tiu tago brilegantaj,

وُجُوهٌ يَوْمَئِذٍ مُّسْفِرَةٌ ﴿٣٩﴾

40. ĝojantaj, gajaj,

ضَاحِكَةٌ مُّسْتَبْشِرَةٌ ﴿٤٠﴾

41. kaj en tiu tago ankaŭ estos vizaĝoj polvoplenaj,

وَوُجُوهٌ يَوْمَئِذٍ عَلَيْهَا غَبَرَةٌ ﴿٤١﴾

42. kiujn kovros la mallumo:

تَرْهَقُهَا قَتَرَةٌ ﴿٤٢﴾

43. estos ili la miskredantoj, la malpieguloj.

أُولَٰٓئِكَ هُمُ الْكَفَرَةُ الْفَجَرَةُ ﴿٤٣﴾ ع

## Ĉapitro 81 **At-Takvir** (La envolvo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Kiam la suno estos envolvita per mallumo,

إِذَا الشَّمْسُ كُوِّرَتْ ﴿٢﴾

3. kaj kiam la steloj malheliĝos,

وَإِذَا النُّجُومُ انْكَدَرَتْ ﴿٣﴾

4. kaj kiam la montoj estos forpelitaj,

وَإِذَا الْجِبَالُ سُيِّرَتْ ﴿٤﴾

5. kaj kiam la gravedaj kamelinoj estos forlasitaj,

وَإِذَا الْعِشَارُ عُطِّلَتْ ﴿٥﴾

6. kaj la bestoj sovaĝaj kunvenos,

وَإِذَا الْوُحُوشُ حُشِرَتْ ﴿٦﴾

7. kaj la maroj fluos unu en la alian,

وَإِذَا الْبِحَارُ سُجِّرَتْ ﴿٧﴾

8. kaj la animoj estos alproksimigitaj unu al la alia,

وَإِذَا النُّفُوسُ زُوِّجَتْ ﴿٨﴾

9. kaj kiam estos demandite pri la knabino vive enterigita:

وَإِذَا الْمَوْءُودَةُ سُئِلَتْ ﴿٩﴾

10. "Pro kiu krimo ŝi estis mortigita? ".

بِأَيِّ ذَنْبٍ قُتِلَتْ ﴿١٠﴾

11. Kiam la libroj de la homaj agoj estos malvolvitaj,

وَإِذَا الصُّحُفُ نُشِرَتْ ﴿١١﴾

12. kiam la ĉielo malfermiĝos,

وَإِذَا السَّمَاءُ كُشِطَتْ ﴿١٢﴾

وَإِذَا الْجَحِيمُ سُعِّرَتْ ﴿١٣﴾

| | |
|---|---|
| 13. kiam la fajro de l' Infero estos incitita, | وَإِذَا الْجَنَّةُ أُزْلِفَتْ ﴿١٣﴾ |
| 14. kiam la Paradizo alproksimiĝos, | عَلِمَتْ نَفْسٌ مَّا أَحْضَرَتْ ﴿١٤﴾ |
| 15. tiam scios ĉiu animo, kion ĝi kaŭzis. | فَلَا أُقْسِمُ بِالْخُنَّسِ ﴿١٥﴾ |
| 16. Ne! Mi vokas la planedojn kiel atestantojn | الْجَوَارِ الْكُنَّسِ ﴿١٦﴾ |
| 17. – la antaŭkurantajn kaj la sin kaŝantajn – | وَاللَّيْلِ إِذَا عَسْعَسَ ﴿١٧﴾ |
| 18. kaj la nokton, kiam ĝi ekforiras, | وَالصُّبْحِ إِذَا تَنَفَّسَ ﴿١٨﴾ |
| 19. kaj la matenruĝon, kiam ĝi komencas forblovi la mallumon. | إِنَّهُ لَقَوْلُ رَسُولٍ كَرِيمٍ ﴿١٩﴾ |
| 20. Tio estas vere la vorto de nobla profeto, | ذِي قُوَّةٍ عِندَ ذِي الْعَرْشِ مَكِينٍ ﴿٢٠﴾ |
| 21. potenca, staranta apud la Posedanto de la Trono, | مُّطَاعٍ ثَمَّ أَمِينٍ ﴿٢١﴾ |
| 22. obeinda, fidinda. | وَمَا صَاحِبُكُم بِمَجْنُونٍ ﴿٢٢﴾ |
| 23. Via kunulo ne estas freneza, | وَلَقَدْ رَآهُ بِالْأُفُقِ الْمُبِينِ ﴿٢٣﴾ |
| 24. ĉar li vidis Lin vere ĉe la hela horizonto. | وَمَا هُوَ عَلَى الْغَيْبِ بِضَنِينٍ ﴿٢٤﴾ |
| 25. Li ne estas avara pri la Nevideblaĵo, | وَمَا هُوَ بِقَوْلِ شَيْطَانٍ رَّجِيمٍ ﴿٢٥﴾ |
| 26. kaj tiu ĉi ne estas la vorto de Satano, la forpelita. | فَأَيْنَ تَذْهَبُونَ ﴿٢٦﴾ |
| 27. Kien vi do volas iri? | إِنْ هُوَ إِلَّا ذِكْرٌ لِّلْعَالَمِينَ ﴿٢٧﴾ |
| 28. Ĉi tiu estas nur admono por ĉiuj nacioj, | لِمَن شَاءَ مِنكُمْ أَن يَسْتَقِيمَ ﴿٢٨﴾ |
| 29. por tiuj el vi, kiuj volas iri rekte, | وَمَا تَشَاءُونَ إِلَّا أَن يَشَاءَ اللَّهُ رَبُّ الْعَالَمِينَ ﴿٢٩﴾ |
| 30. kaj vi povas voli nur tion, kion volas Allah, la Sinjoro de l' Universo. | |




*revelaciita en Mekko*

| | |
|---|---|
| 1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema. | بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾ |
| 2. Kiam la ĉielo fendiĝos, | إِذَا السَّمَآءُ انْفَطَرَتْ ﴿٢﴾ |
| 3. kiam la astroj estos disigitaj, | وَإِذَا الْكَوَاكِبُ انْتَثَرَتْ ﴿٣﴾ |
| 4. kiam la maroj kunfluiĝos, | وَإِذَا الْبِحَارُ فُجِّرَتْ ﴿٤﴾ |
| 5. kaj kiam la tomboj estos renversigitaj, | وَإِذَا الْقُبُوْرُ بُعْثِرَتْ ﴿٥﴾ |
| 6. ĉiuj animoj scios, kion ili faris, kaj kion ili preterlasis. | عَلِمَتْ نَفْسٌ مَّا قَدَّمَتْ وَأَخَّرَتْ ﴿٦﴾ |
| 7. Ho vi, homoj! Kio faris vin arogantaj kontraŭ via Sinjoro, la Nobla, | يٰٓأَيُّهَا الْإِنْسَانُ مَا غَرَّكَ بِرَبِّكَ الْكَرِيْمِ ﴿٧﴾ |
| 8. kiu kreis kaj perfektigis kaj formis vin? | الَّذِيْ خَلَقَكَ فَسَوّٰىكَ فَعَدَلَكَ ﴿٨﴾ |
| 9. Li formis vin laŭ la formo, kiu plaĉis al Li. | فِيْٓ أَيِّ صُوْرَةٍ مَّا شَآءَ رَكَّبَكَ ﴿٩﴾ |
| 10. Ne! Vi negas la tagon de la lasta Juĝo; | كَلَّا بَلْ تُكَذِّبُوْنَ بِالدِّيْنِ ﴿١٠﴾ |
| 11. vere super vi estas gardantoj, | وَإِنَّ عَلَيْكُمْ لَحٰفِظِيْنَ ﴿١١﴾ |
| 12. noblaj registrantoj, | كِرَامًا كَاتِبِيْنَ ﴿١٢﴾ |
| 13. kiuj scias, kion vi faras. | يَعْلَمُوْنَ مَا تَفْعَلُوْنَ ﴿١٣﴾ |
| 14. Vere la justuloj certe estos en feliĉo, | إِنَّ الْأَبْرَارَ لَفِيْ نَعِيْمٍ ﴿١٤﴾ |
| 15. kaj la pekuloj certe estos en la Infero; | وَإِنَّ الْفُجَّارَ لَفِيْ جَحِيْمٍ ﴿١٥﴾ |
| 16. ili eniros tien en la tago de la lasta Juĝo, | يَّصْلَوْنَهَا يَوْمَ الدِّيْنِ ﴿١٦﴾ |
| 17. kaj ili ne kapablos liberiĝi. | وَمَا هُمْ عَنْهَا بِغَآئِبِيْنَ ﴿١٧﴾ |
| 18. Kio sciigas al vi, kio estas la tago de la lasta Juĝo? | وَمَآ أَدْرٰىكَ مَا يَوْمُ الدِّيْنِ ﴿١٨﴾ |
| | ثُمَّ مَآ أَدْرٰىكَ مَا يَوْمُ الدِّيْنِ ﴿١٩﴾ |

---

19. Ankoraŭfoje: kio sciigas al vi, kio estas la tago de la lasta Juĝo?

20. La tago, en kiu neniu animo povos fari ion ajn por alia animo. En tiu tago la povo apartenos nur al Allah.

يَوْمَ لَا تَمْلِكُ نَفْسٌ لِّنَفْسٍ شَيْـًٔا ۖ وَالْأَمْرُ يَوْمَئِذٍ لِّلَّهِ ﴿١٩﴾

Ĉapitro 83 **At-Tatfīf** (Tiuj, kiuj donas nesufiĉan mezuron) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Ve al tiuj, kiuj donas nesufiĉan mezuron!
وَيْلٌ لِّلْمُطَفِّفِينَ ﴿٢﴾

3. Tiuj, kiuj postulas plenan mezuron, kiam ili ricevas de la homoj,
الَّذِينَ إِذَا اكْتَالُوا عَلَى النَّاسِ يَسْتَوْفُونَ ﴿٣﴾

4. kaj, kiam ili mem mezuras aŭ pesas, malpliigas.
وَإِذَا كَالُوهُمْ أَو وَّزَنُوهُمْ يُخْسِرُونَ ﴿٤﴾

5. Ĉu ili ne imagas, ke ili estos vekitaj
أَلَا يَظُنُّ أُولَٰٓئِكَ أَنَّهُم مَّبْعُوثُونَ ﴿٥﴾

6. en tago terura,
لِيَوْمٍ عَظِيمٍ ﴿٦﴾

7. en la tago, en kiu stariĝos la homoj antaŭ la Sinjoro de l' Universo?
يَوْمَ يَقُومُ النَّاسُ لِرَبِّ الْعَالَمِينَ ﴿٧﴾

8. Ne! La listo de la agoj de la malpieguloj estas en Siĝĝīn.
كَلَّآ إِنَّ كِتَٰبَ الْفُجَّارِ لَفِي سِجِّينٍ ﴿٨﴾

9. Kio sciigas al vi, kio estas Siĝĝīn?
وَمَآ أَدْرَىٰكَ مَا سِجِّينٌ ﴿٩﴾

10. Estas skribita libro.
كِتَٰبٌ مَّرْقُومٌ ﴿١٠﴾

11. Ve en tiu tago al la rifuzantoj,
وَيْلٌ يَوْمَئِذٍ لِّلْمُكَذِّبِينَ ﴿١١﴾

12. kiuj negas la tagon de la lasta Juĝo!
الَّذِينَ يُكَذِّبُونَ بِيَوْمِ الدِّينِ ﴿١٢﴾

13. Ĝin negas nur ĉiu pekema ekscesanto,
وَمَا يُكَذِّبُ بِهِۦٓ إِلَّا كُلُّ مُعْتَدٍ أَثِيمٍ ﴿١٣﴾

إِذَا تُتْلَىٰ عَلَيْهِ ءَايَٰتُنَا قَالَ أَسَٰطِيرُ الْأَوَّلِينَ ﴿١٤﴾

14. kiu, kiam estas proklamataj al li Niaj revelacioj, diras: "Fabeloj de la prauloj! ".

كَلَّا بَلْ رَانَ عَلَىٰ قُلُوبِهِم مَّا كَانُوا يَكْسِبُونَ ⑮

15. Ne! Ne! Tio, kion ili faradis, kovras iliajn korojn kvazaŭ rustaĵo.

كَلَّا إِنَّهُمْ عَن رَّبِّهِمْ يَوْمَئِذٍ لَّمَحْجُوبُونَ ⑯

16. Ne! Vere en tiu tago ili estos disigitaj de sia Sinjoro,

ثُمَّ إِنَّهُمْ لَصَالُوا الْجَحِيمِ ⑰

17. poste ili certe eniros en la Inferon,

ثُمَّ يُقَالُ هَٰذَا الَّذِي كُنتُم بِهِ تُكَذِّبُونَ ⑱

18. poste estos dirite: "Tio ĉi estas tio, kion vi kutimis negi! ".

كَلَّا إِنَّ كِتَابَ الْأَبْرَارِ لَفِي عِلِّيِّينَ ⑲

19. Ne! La listo de la agoj de la justuloj estas en Illijūn.

وَمَا أَدْرَاكَ مَا عِلِّيُّونَ ⑳

20. Kio sciigas al vi, kio estas Illijūn?

كِتَابٌ مَّرْقُومٌ ㉑

21. Estas skribita libro;

يَشْهَدُهُ الْمُقَرَّبُونَ ㉒

22. la elektitoj atestos pri ĝi.

إِنَّ الْأَبْرَارَ لَفِي نَعِيمٍ ㉓

23. Vere la justuloj estos en feliĉo,

عَلَى الْأَرَائِكِ يَنظُرُونَ ㉔

24. el altaj litoj ili rigardos,

تَعْرِفُ فِي وُجُوهِهِمْ نَضْرَةَ النَّعِيمِ ㉕

25. vi ekvidos sur iliaj vizaĝoj la brilegon de la ĝojo.

يُسْقَوْنَ مِن رَّحِيقٍ مَّخْتُومٍ ㉖

26. Al ili estos donita bongusta trinkaĵo, sigelita,

خِتَامُهُ مِسْكٌ وَفِي ذَٰلِكَ فَلْيَتَنَافَسِ الْمُتَنَافِسُونَ ㉗

27. kies sigelo estos mosko – al tio strebu la strebantoj –

وَمِزَاجُهُ مِن تَسْنِيمٍ ㉘

28. kaj en ĝi estos miksita Tasnīm,

عَيْنًا يَشْرَبُ بِهَا الْمُقَرَّبُونَ ㉙

29. fluaĵo el la fonto, el kiu trinkos la elektitoj.

إِنَّ الَّذِينَ أَجْرَمُوا كَانُوا مِنَ الَّذِينَ آمَنُوا
يَضْحَكُونَ ㉚

30. Vere la pekuloj kutimis ridi pri la kredantoj,

وَإِذَا مَرُّوا بِهِمْ يَتَغَامَزُونَ ㉛

31. kaj kiam ili preterpasis ilin, ili palpebrumis,

وَإِذَا انقَلَبُوا إِلَىٰ أَهْلِهِمُ انقَلَبُوا فَكِهِينَ ㉜

32. kaj kiam ili revenis al siaj familianoj, ili revenis mokante,

وَإِذَا رَأَوْهُمْ قَالُوا إِنَّ هَٰؤُلَاءِ لَضَالُّونَ ㉝

وَمَا أُرْسِلُوا عَلَيْهِمْ حَافِظِينَ ㉞

33. kaj kiam ili vidis ilin, ili diris: "Vere tiuj ĉi estas erarantoj! "

34. Ili tamen ne estis senditaj kiel gardantoj super ili.

35. Tial hodiaŭ estas la kredantoj tiuj, kiuj ridos pri la miskredantoj.

36. El altaj litoj ili rigardos.

37. Ĉu ne estos repagita al la miskredantoj tio, kion ili faris?

فَالْيَوْمَ الَّذِينَ آمَنُوا مِنَ الْكُفَّارِ يَضْحَكُونَ ﴿٣٤﴾

عَلَى الْأَرَائِكِ يَنْظُرُونَ ﴿٣٥﴾

هَلْ ثُوِّبَ الْكُفَّارُ مَا كَانُوا يَفْعَلُونَ ﴿٣٦﴾

Ĉapitro 84 **Al-Inŝekāk** (La krevo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Kiam la ĉielo krevos,

3. kaj ĝi tiel obeos, kiel estas ĝia devo, al sia Sinjoro,

4. kaj kiam la tero ebeniĝos,

5. kaj elpelos tion, kio estas en ĝi, kaj tiel malpleniĝos,

6. kaj ĝi tiel obeos, kiel estas ĝia devo, al sia Sinjoro,

7. ho vi, homo! Vi vere klopodas por atingi vian Sinjoron, tiel vi renkontos Lin.

8. Pri tiu, al kiu estos donita la libro de liaj agoj en la manon dekstran:

9. lia juĝo estos baldaŭ malsevera,

10. kaj li revenos gaja al siaj familianoj.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

إِذَا السَّمَاءُ انْشَقَّتْ ﴿٢﴾

وَأَذِنَتْ لِرَبِّهَا وَحُقَّتْ ﴿٣﴾

وَإِذَا الْأَرْضُ مُدَّتْ ﴿٤﴾

وَأَلْقَتْ مَا فِيهَا وَتَخَلَّتْ ﴿٥﴾

وَأَذِنَتْ لِرَبِّهَا وَحُقَّتْ ﴿٦﴾

يَا أَيُّهَا الْإِنْسَانُ إِنَّكَ كَادِحٌ إِلَىٰ رَبِّكَ كَدْحًا
فَمُلَاقِيهِ ﴿٧﴾

فَأَمَّا مَنْ أُوتِيَ كِتَابَهُ بِيَمِينِهِ ﴿٨﴾

فَسَوْفَ يُحَاسَبُ حِسَابًا يَسِيرًا ﴿٩﴾

وَيَنْقَلِبُ إِلَىٰ أَهْلِهِ مَسْرُورًا ﴿١٠﴾

11. Pri tiu, al kiu estos donita la libro de liaj agoj malantaŭ lian dorson:

وَأَمَّا مَنْ أُوتِيَ كِتَٰبَهُۥ وَرَآءَ ظَهْرِهِۦ ﴿١١﴾

12. baldaŭ li deziregos la neniigon,

فَسَوْفَ يَدْعُوا۟ ثُبُورًا ﴿١٢﴾

13. kaj li eniros en flamantan fajron.

وَيَصْلَىٰ سَعِيرًا ﴿١٣﴾

14. Certe li kutimis vivi gaje inter siaj familianoj,

إِنَّهُۥ كَانَ فِىٓ أَهْلِهِۦ مَسْرُورًا ﴿١٤﴾

15. kaj li certe supozis, ke li neniam revenos.

إِنَّهُۥ ظَنَّ أَن لَّن يَحُورَ ﴿١٥﴾

16. Jes! Vere lia Sinjoro kutimis rigardi lin.

بَلَىٰٓ ۚ إِنَّ رَبَّهُۥ كَانَ بِهِۦ بَصِيرًا ﴿١٦﴾

17. Ne! Mi alvokas kiel atestanton la krepuskon

فَلَآ أُقْسِمُ بِٱلشَّفَقِ ﴿١٧﴾

18. kaj la nokton, kaj tion, kion ĝi envolvas,

وَٱلَّيْلِ وَمَا وَسَقَ ﴿١٨﴾

19. kaj la lunon, kiam ĝi pleniĝas,

وَٱلْقَمَرِ إِذَا ٱتَّسَقَ ﴿١٩﴾

20. ke vi estos transformitaj de unu stato en alian.

لَتَرْكَبُنَّ طَبَقًا عَن طَبَقٍ ﴿٢٠﴾

21. Kio do estas al ili, ke ili ne kredas,

فَمَا لَهُمْ لَا يُؤْمِنُونَ ﴿٢١﴾

22. kaj, kiam la Korano estas legata al ili, ili ne terenkuŝiĝas?

وَإِذَا قُرِئَ عَلَيْهِمُ ٱلْقُرْءَانُ لَا يَسْجُدُونَ ۩ ﴿٢٢﴾

23. Ne! La miskredantoj male kulpigas lin pri mensogo.

بَلِ ٱلَّذِينَ كَفَرُوا۟ يُكَذِّبُونَ ﴿٢٣﴾

24. Allah scias bone, kion ili kaŝas,

وَٱللَّهُ أَعْلَمُ بِمَا يُوعُونَ ﴿٢٤﴾

25. tial anoncu vi al ili doloran punon,

فَبَشِّرْهُم بِعَذَابٍ أَلِيمٍ ﴿٢٥﴾

26. krom al la kredantoj kaj bonfarantoj, por kiuj estos senfina rekompenco.

إِلَّا ٱلَّذِينَ ءَامَنُوا۟ وَعَمِلُوا۟ ٱلصَّٰلِحَٰتِ لَهُمْ
أَجْرٌ غَيْرُ مَمْنُونٍ ﴿٢٦﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

2. Per la ĉielo, plena de konstelacioj!

وَالسَّمَآءِ ذَاتِ الْبُرُوْجِ (٢)

3. Per la tago promesita!

وَالْيَوْمِ الْمَوْعُوْدِ (٣)

4. Per la atestanto kaj per la priatestito!

وَشَاهِدٍ وَّمَشْهُوْدٍ (٤)

5. Neniigitaj estis la loĝantoj de la tranĉeo,

قُتِلَ اَصْحٰبُ الْاُخْدُوْدِ (٥)

6. de la fajro plena de brulaĵo,

النَّارِ ذَاتِ الْوَقُوْدِ (٦)

7. dum ili sidis ĉirkaŭ ĝi,

اِذْ هُمْ عَلَيْهَا قُعُوْدٌ (٧)

8. kaj ĉeestis al tio, kion ili faris kontraŭ la kredantoj,

وَّهُمْ عَلٰى مَا يَفْعَلُوْنَ بِالْمُؤْمِنِيْنَ شُهُوْدٌ (٨)

9. kiujn ili malamis nur, ĉar tiuj kredis je Allah la Ĉiopova, la Laŭdegenda,

وَمَا نَقَمُوْا مِنْهُمْ اِلَّآ اَنْ يُّؤْمِنُوْا بِاللّٰهِ الْعَزِيْزِ
الْحَمِيْدِ (٩)

10. je Tiu, al kiu apartenas la suvereneco de la ĉieloj kaj de la tero. Allah estas atestanto de ĉiuj aferoj.

الَّذِيْ لَهٗ مُلْكُ السَّمٰوٰتِ وَالْاَرْضِ وَاللّٰهُ عَلٰى كُلِّ
شَيْءٍ شَهِيْدٌ (١٠)

11. Por tiuj, kiuj persekutas la kredantojn kaj la kredantinojn, kaj poste ne pentas, estos la puno de l' Infero, kaj por ili estos la puno de la brulado.

اِنَّ الَّذِيْنَ فَتَنُوا الْمُؤْمِنِيْنَ وَالْمُؤْمِنٰتِ ثُمَّ لَمْ
يَتُوْبُوْا فَلَهُمْ عَذَابُ جَهَنَّمَ وَلَهُمْ عَذَابُ الْحَرِيْقِ (١١)

12. Por tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, estos ĝardenoj, sub kiuj fluas riveroj. Tio estas la plej granda feliĉo.

اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ لَهُمْ جَنّٰتٌ
تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ ذٰلِكَ الْفَوْزُ الْكَبِيْرُ (١٢)

13. Vere la venĝo de via Sinjoro estos severa.

اِنَّ بَطْشَ رَبِّكَ لَشَدِيْدٌ (١٣)

14. Estas Li Tiu, kiu estigas kaj reestigas.

اِنَّهٗ هُوَ يُبْدِئُ وَيُعِيْدُ (١٤)

15. Estas Li la Senkulpigema, la Amema,

وَهُوَ الْغَفُوْرُ الْوَدُوْدُ (١٥)

| | |
|---|---|
| 16. la Majstro de la Trono, la Glora. | ذُو الْعَرْشِ الْمَجِيدُ ۝١٦ |
| 17. Li estigas, kion Li deziras. | فَعَّالٌ لِّمَا يُرِيدُ ۝١٧ |
| 18. Ĉu atingis vin la rakonto pri la trupoj | هَلْ أَتٰىكَ حَدِيثُ الْجُنُودِ ۝١٨ |
| 19. de Faraono kaj de Tamûd? | فِرْعَوْنَ وَثَمُودَ ۝١٩ |
| 20. Ne! La miskredantoj kutimas mensogi, | بَلِ الَّذِينَ كَفَرُوا فِي تَكْذِيبٍ ۝٢٠ |
| 21. sed Allah ĉirkaŭas ilin je ĉiuj flankoj. | وَّاللَّهُ مِن وَرَآئِهِم مُّحِيطٌ ۝٢١ |
| 22. Ne! Tiu ĉi estas glora Korano | بَلْ هُوَ قُرْآنٌ مَّجِيدٌ ۝٢٢ |
| 23. sur tabelo bone gardata. | فِي لَوْحٍ مَّحْفُوظٍ ۝٢٣ |

Ĉapitro 86 **At-Tûârek** (La stelo de l' mateno) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

| | |
|---|---|
| 1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema. | بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيمِ ۝١ |
| 2. Per la ĉielo kaj per la stelo de l' mateno! | وَالسَّمَآءِ وَالطَّارِقِ ۝٢ |
| 3. Kio sciigas al vi, kio estas la stelo de l' mateno? | وَمَآ أَدْرٰىكَ مَا الطَّارِقُ ۝٣ |
| 4. Ĝi estas stelo de penetranta brilego. | النَّجْمُ الثَّاقِبُ ۝٤ |
| 5. Por ĉiu animo ekzistas gardanto, | إِن كُلُّ نَفْسٍ لَّمَّا عَلَيْهَا حَافِظٌ ۝٥ |
| 6. tial rigardu la homo, el kio li estis kreita. | فَلْيَنظُرِ الْإِنسَانُ مِمَّ خُلِقَ ۝٦ |
| 7. Li estis kreita el elŝprucita fluaĵo, | خُلِقَ مِن مَّآءٍ دَافِقٍ ۝٧ |
| 8. kiu eliras el inter la lumboj kaj la ripoj. | يَخْرُجُ مِن بَيْنِ الصُّلْبِ وَالتَّرَآئِبِ ۝٨ |
| 9. Certe Li havas la povon reveki lin, | إِنَّهُ عَلٰى رَجْعِهِ لَقَادِرٌ ۝٩ |
| 10. – en la tago, en kiu la sekretoj estos malkaŝitaj – | يَوْمَ تُبْلَى السَّرَآئِرُ ۝١٠ |

11. ĉar li ne havos forton nek helpanton.

فَمَا لَهُ مِنْ قُوَّةٍ وَلَا نَاصِرٍ ﴿١١﴾

12. Per la nuboj, kiuj donas pluvon post pluvo,

وَالسَّمَاءِ ذَاتِ الرَّجْعِ ﴿١٢﴾

13. kaj per la tero, kiu fendiĝas, kiam la kreskaĵoj ĝermas!

وَالْأَرْضِ ذَاتِ الصَّدْعِ ﴿١٣﴾

14. Vere ĉi tiu estas decida vorto,

إِنَّهُ لَقَوْلٌ فَصْلٌ ﴿١٤﴾

15. ĝi ne estas ŝerco.

وَمَا هُوَ بِالْهَزْلِ ﴿١٥﴾

16. Certe ili komplotas,

إِنَّهُمْ يَكِيدُونَ كَيْدًا ﴿١٦﴾

17. sed ankaŭ Mi komplotos kontraŭ ili,

وَأَكِيدُ كَيْدًا ﴿١٧﴾

18. tial vi konsentu tempon al la miskredantoj, lasu ilin iomete en paco.

فَمَهِّلِ الْكَافِرِينَ أَمْهِلْهُمْ رُوَيْدًا ﴿١٨﴾

Ĉapitro 87 **Al-A'lā** (La Eminenta) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Gloregu la nomon de via Sinjoro, la Eminenta,

سَبِّحِ اسْمَ رَبِّكَ الْأَعْلَى ﴿٢﴾

3. kiu kreis kaj perfektigis,

الَّذِي خَلَقَ فَسَوَّىٰ ﴿٣﴾

4. kaj kiu difinis la celojn, kaj gvidas,

وَالَّذِي قَدَّرَ فَهَدَىٰ ﴿٤﴾

5. kiu kreskigas la herbon de la paŝtejoj,

وَالَّذِي أَخْرَجَ الْمَرْعَىٰ ﴿٥﴾

6. kaj poste faras ĝin seka fojno.

فَجَعَلَهُ غُثَاءً أَحْوَىٰ ﴿٦﴾

7. Ni instruos al vi la Koranon kaj vi ne forgesos ĝin,

سَنُقْرِئُكَ فَلَا تَنْسَىٰ ﴿٧﴾

8. krom se Allah volas. Li vere scias, kio estas malkaŝita kaj kio estas kaŝita,

إِلَّا مَا شَاءَ اللَّهُ ۚ إِنَّهُ يَعْلَمُ الْجَهْرَ وَمَا يَخْفَىٰ ﴿٨﴾

9. kaj Ni faciligos por vi la vojon. — وَنُيَسِّرُكَ لِلْيُسْرٰى ٩

10. Vi do admonu, ĉar la admono estas utila. — فَذَكِّرْ اِنْ نَّفَعَتِ الذِّكْرٰى ١٠

11. Ĝin akceptos tiu, kiu timas, — سَيَذَّكَّرُ مَنْ يَّخْشٰى ١١

12. kaj evitos ĝin la malbonegulo, — وَيَتَجَنَّبُهَا الْاَشْقَى ١٢

13. tiu, kiu eniros en la grandan fajron, — الَّذِىْ يَصْلَى النَّارَ الْكُبْرٰى ١٣

14. poste en ĝi nek mortos nek vivos. — ثُمَّ لَا يَمُوْتُ فِيْهَا وَلَا يَحْيٰى ١٤

15. Vere estos sukcesa tiu, kiu sin purigas — قَدْ اَفْلَحَ مَنْ تَزَكّٰى ١٥

16. kaj memoras la nomon de sia Sinjoro kaj preĝas. — وَذَكَرَ اسْمَ رَبِّهٖ فَصَلّٰى ١٦

17. Ne! Vi tamen preferas la vivon ĉi-tiean, — بَلْ تُؤْثِرُوْنَ الْحَيٰوةَ الدُّنْيَا ١٧

18. kvankam la vivo venonta estas pli bona kaj daŭra. — وَالْاٰخِرَةُ خَيْرٌ وَّاَبْقٰى ١٨

19. Vere tio estas la samo, kiu estis en la antikvaj Skriboj, — اِنَّ هٰذَا لَفِى الصُّحُفِ الْاُوْلٰى ١٩

20. en la Skriboj de Abraham kaj de Moseo. — صُحُفِ اِبْرٰهِيْمَ وَمُوْسٰى ٢٠ ع ١٢

## Ĉapitro 88 Al-Gâŝeja (La renversanta okazontaĵo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema. — بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ١

2. Ĉu atingis vin la novaĵo pri la renversanta okazontaĵo? — هَلْ اَتٰىكَ حَدِيْثُ الْغَاشِيَةِ ٢

3. En tiu tago iuj vizaĝoj estos malgajaj, — وُجُوْهٌ يَّوْمَئِذٍ خَاشِعَةٌ ٣

4. laciĝintaj, afliktitaj, — عَامِلَةٌ نَّاصِبَةٌ ٤

5. ili eniros en timigan fajron, — تَصْلٰى نَارًا حَامِيَةً ٥

6. ili estos trinkigataj el bolanta fonto, — تُسْقٰى مِنْ عَيْنٍ اٰنِيَةٍ ٦

7. ili ne havos alian manĝaĵon ol maldolĉan, doman herbon,

لَيْسَ لَهُمْ طَعَامٌ إِلَّا مِنْ ضَرِيعٍ ٦

8. kiu nek nutras nek forigas la malsaton.

لَا يُسْمِنُ وَلَا يُغْنِي مِنْ جُوعٍ ٧

9. En tiu tago iuj vizaĝoj estos gajaj,

وُجُوهٌ يَوْمَئِذٍ نَاعِمَةٌ ٨

10. kontentaj pri sia laboro,

لِسَعْيِهَا رَاضِيَةٌ ٩

11. en alta ĝardeno;

فِي جَنَّةٍ عَالِيَةٍ ١٠

12. tie vi ne aŭdos vanajn parolojn;

لَا تَسْمَعُ فِيهَا لَاغِيَةً ١١

13. tie estos fluanta fonto,

فِيهَا عَيْنٌ جَارِيَةٌ ١٢

14. tie estos altaj litoj,

فِيهَا سُرُرٌ مَرْفُوعَةٌ ١٣

15. kaj pokaloj surmetitaj,

وَأَكْوَابٌ مَوْضُوعَةٌ ١٤

16. kaj kusenoj ordigitaj,

وَنَمَارِقُ مَصْفُوفَةٌ ١٥

17. kaj etenditaj tapiŝoj.

وَزَرَابِيُّ مَبْثُوثَةٌ ١٦

18. Kiel? Ĉu ili ne volas rigardi la nubojn, kiel ili estis kreitaj?

أَفَلَا يَنْظُرُونَ إِلَى الْإِبِلِ كَيْفَ خُلِقَتْ ١٧

19. Kaj la ĉielon, kiel ĝi estis levita?

وَإِلَى السَّمَاءِ كَيْفَ رُفِعَتْ ١٨

20. Kaj la montojn, kiel ili estis starigitaj?

وَإِلَى الْجِبَالِ كَيْفَ نُصِبَتْ ١٩

21. Kaj la teron, kiel ĝi estis etendita?

وَإِلَى الْأَرْضِ كَيْفَ سُطِحَتْ ٢٠

22. Vi do admonu, ĉar vi estas nur admonanto,

فَذَكِّرْ إِنَّمَا أَنْتَ مُذَكِّرٌ ٢١

23. vi ne estas gardanto super ili,

لَسْتَ عَلَيْهِمْ بِمُصَيْطِرٍ ٢٢

24. sed tiun, kiu turnas sin for kaj nekredas,

إِلَّا مَنْ تَوَلَّى وَكَفَرَ ٢٣

25. Allah punos per granda puno.

فَيُعَذِّبُهُ اللَّهُ الْعَذَابَ الْأَكْبَرَ ٢٤

26. Al Ni vere estos via hejmeniro,

إِنَّ إِلَيْنَا إِيَابَهُمْ ٢٥

27. kaj tiam Nin koncernos la juĝo pri vi.

ثُمَّ إِنَّ عَلَيْنَا حِسَابَهُمْ ٢٦ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ①

2. Per la tagiĝo!

وَالْفَجْرِ ②

3. Per la dek noktoj!

وَلَيَالٍ عَشْرٍ ③

4. Per la para kaj per la nepara!

وَالشَّفْعِ وَالْوَتْرِ ④

5. Per la nokto, kiam ĝi forpasas!

وَاللَّيْلِ إِذَا يَسْرِ ⑤

6. Ĉu en tio ne estas pruvo valida por prudentulo?

هَلْ فِي ذَٰلِكَ قَسَمٌ لِذِي حِجْرٍ ⑥

7. Ĉu vi ne vidis, kiel via Sinjoro agis pri la Aadanoj,

أَلَمْ تَرَ كَيْفَ فَعَلَ رَبُّكَ بِعَادٍ ⑦

8. la popolo de Iram, la urbo de la altaj palacoj,

إِرَمَ ذَاتِ الْعِمَادِ ⑧

9. kiaj ne estis konstruitaj en aliaj urboj,

الَّتِي لَمْ يُخْلَقْ مِثْلُهَا فِي الْبِلَادِ ⑨

10. kaj pri la Tamudoj, kiuj elfosis loĝejojn en la ŝtonego, en la valo,

وَثَمُودَ الَّذِينَ جَابُوا الصَّخْرَ بِالْوَادِ ⑩

11. kaj pri Faraono, la sinjoro de la palisoj?

وَفِرْعَوْنَ ذِي الْأَوْتَادِ ⑪

12. Tiuj trompis en la urboj,

الَّذِينَ طَغَوْا فِي الْبِلَادِ ⑫

13. kaj pliigis en ili la malvirton.

فَأَكْثَرُوا فِيهَا الْفَسَادَ ⑬

14. Tial via Sinjoro frapis ilin per la skurĝo de la puno.

فَصَبَّ عَلَيْهِمْ رَبُّكَ سَوْطَ عَذَابٍ ⑭

15. Vere via Sinjoro estas vigla.

إِنَّ رَبَّكَ لَبِالْمِرْصَادِ ⑮

16. Kiam via Sinjoro elprovas homon, honorante kaj favorante lin, tiam li diras: "Mia Sinjoro honoris min",

فَأَمَّا الْإِنْسَانُ إِذَا مَا ابْتَلَاهُ رَبُّهُ فَأَكْرَمَهُ وَ
نَعَّمَهُ فَيَقُولُ رَبِّي أَكْرَمَنِ ⑯

17. kiam Li tamen elprovas lin, malpliigante lian provizaĵon, li diras: ”Mia Sinjoro humiligis min”.

18. Neniel! Ne! Vi tamen ne honoras la orfon,

19. nek instigas unu la alian al la nutrado de la malriĉuloj,

20. kaj vi tute konsumas la heredaĵon de la aliaj,

21. kaj vi amas la riĉaĵojn per senbrida amo.

22. Ne! Kiam la tero estos pistita en subtilan polvon,

23. kaj via Sinjoro kaj la anĝeloj venos en vicoj,

24. en tiu tago estos alproksimigita la Infero. En tiu tago la homo pripensos, sed kiom utilos al li la pripensado?

25. Li diros: ”Ho, se mi estus provizinta antaŭe por ĉi tiu mia vivo! ”.

26. En tiu tago neniu punos, kiel Li punos,

27. kaj neniu ligos tiel firme, kiel Li ligos.

28. Ho vi, animo, kiu estas en paco,

29. reiru al via Sinjoro, kontenta en Lia kontenteco!

30. Tial venu apud Miajn servantojn,

31. kaj eniru Mian Paradizon!

وَأَمَّآ إِذَا مَا ابْتَلٰهُ فَقَدَرَ عَلَيْهِ رِزْقَهُ فَيَقُولُ
رَبِّيٓ أَهَانَنِ ﴿١٦﴾
كَلَّا بَل لَّا تُكْرِمُونَ الْيَتِيمَ ﴿١٧﴾
وَلَا تَحٰٓضُّونَ عَلٰى طَعَامِ الْمِسْكِينِ ﴿١٨﴾
وَتَأْكُلُونَ التُّرَاثَ أَكْلًا لَّمًّا ﴿١٩﴾
وَتُحِبُّونَ الْمَالَ حُبًّا جَمًّا ﴿٢٠﴾
كَلَّآ إِذَا دُكَّتِ الْأَرْضُ دَكًّا دَكًّا ﴿٢١﴾
وَجَآءَ رَبُّكَ وَالْمَلَكُ صَفًّا صَفًّا ﴿٢٢﴾
وَجِايْٓءَ يَوْمَئِذٍۭ بِجَهَنَّمَ يَوْمَئِذٍ يَتَذَكَّرُ
الْإِنْسَانُ وَأَنّٰى لَهُ الذِّكْرٰى ﴿٢٣﴾
يَقُولُ يٰلَيْتَنِي قَدَّمْتُ لِحَيَاتِي ﴿٢٤﴾
فَيَوْمَئِذٍ لَّا يُعَذِّبُ عَذَابَهُٓ أَحَدٌ ﴿٢٥﴾
وَلَا يُوثِقُ وَثَاقَهُٓ أَحَدٌ ﴿٢٦﴾
يٰٓأَيَّتُهَا النَّفْسُ الْمُطْمَئِنَّةُ ﴿٢٧﴾
ارْجِعِيٓ إِلٰى رَبِّكِ رَاضِيَةً مَّرْضِيَّةً ﴿٢٨﴾
فَادْخُلِي فِي عِبٰدِي ﴿٢٩﴾
وَادْخُلِي جَنَّتِي ﴿٣٠﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Aŭskultu! Mi ĵuras per ĉi tiu urbo,*

3. – kaj vi loĝas en ĉi tiu urbo –

4. per la naskinto kaj per la naskito! **

5. Vere Ni kreis la homon en stato de mizero,

6. ĉu li nun eble supozas, ke neniu havas povon super li?

7. Li diras: "Mi konsumis grandan propraĵon".

8. Ĉu li imagas, ke neniu lin vidas?

9. Ĉu Ni ne donis al li du okulojn

10. kaj langon kaj du lipojn?

11. Poste Ni gvidis lin al du larĝaj vojoj, al la bono kaj al la malbono.

12. Li tamen ne komencas supreniri.

13. Kio sciigas al vi, kio estas la supreniro?

14. Ĝi estas liberigo de sklavo

15. aŭ nutrado, en tempo de malriĉego,

16. de orfo, de proksima parenco

17. aŭ de mizerulo kuŝanta sur la tero,

18. kaj krome esti kredanto kaj admonan-

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ (١)

لَآ اُقْسِمُ بِهٰذَا الْبَلَدِ (٢)

وَاَنْتَ حِلٌّ بِهٰذَا الْبَلَدِ (٣)

وَوَالِدٍ وَّمَا وَلَدَ (٤)

لَقَدْ خَلَقْنَا الْاِنْسَانَ فِيْ كَبَدٍ (٥)

اَيَحْسَبُ اَنْ لَّنْ يَّقْدِرَ عَلَيْهِ اَحَدٌ (٦)

يَقُوْلُ اَهْلَكْتُ مَالًا لُّبَدًا (٧)

اَيَحْسَبُ اَنْ لَّمْ يَرَهٗٓ اَحَدٌ (٨)

اَلَمْ نَجْعَلْ لَّهٗ عَيْنَيْنِ (٩)

وَلِسَانًا وَّشَفَتَيْنِ (١٠)

وَهَدَيْنٰهُ النَّجْدَيْنِ (١١)

فَلَا اقْتَحَمَ الْعَقَبَةَ (١٢)

وَمَآ اَدْرٰىكَ مَا الْعَقَبَةُ (١٣)

فَكُّ رَقَبَةٍ (١٤)

اَوْ اِطْعٰمٌ فِيْ يَوْمٍ ذِيْ مَسْغَبَةٍ (١٥)

يَّتِيْمًا ذَا مَقْرَبَةٍ (١٦)

اَوْ مِسْكِيْنًا ذَا مَتْرَبَةٍ (١٧)

ثُمَّ كَانَ مِنَ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَتَوَاصَوْا بِالصَّبْرِ وَتَوَاصَوْا بِالْمَرْحَمَةِ (١٨)

---

* Mekko

** Abraham kaj Iŝmael

to al la persistemo kaj admonanto al la kompato.

أولئك أصحب الميمنة (١٩)

19. Tiuj ĉi estos tiuj je la dekstra flanko.

والذين كفروا بايتنا هم أصحب المشئمة (٢٠)

20. Tiuj, kiuj rifuzas Niajn revelaciojn, estos tiuj je la maldekstra flanko,

عليهم نار مؤصدة (٢١)

21. ĉirkaŭ ili estos turmentanta fajro.

## Ĉapitro 91 **Aŝ-Ŝams** (La suno) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بسم الله الرحمن الرحيم (١)

2. Per la suno kaj ĝia brilego!

والشمس وضحىها (٢)

3. Per la luno, kiu sekvas ĝin!

والقمر إذا تلىها (٣)

4. Per la tago, kiam ĝi senvualiĝas!

والنهار إذا جلىها (٤)

5. Per la nokto, kiam ĝi kovras ĝin per vualo!

والليل إذا يغشىها (٥)

6. Per la ĉielo kaj ĝia konstruo!

والسماء وما بنىها (٦)

7. Per la tero kaj ĝia etendiĝo!

والأرض وما طحىها (٧)

8. Per la animo kaj ĝia perfektiĝo!

ونفس وما سوىها (٨)

9. Li donis al ĝi la senton por tio, kio estas maljusta, kaj por tio, kio estas justa.

فألهمها فجورها وتقوىها (٩)

10. Certe estos sukcesa tiu, kiu purigas ĝin,

قد أفلح من زكىها (١٠)

11. kaj estos humiligita tiu, kiu lasas ĝin perei.

وقد خاب من دسىها (١١)

12. La Tamudoj negis la veron en sia ribelemo,

كذبت ثمود بطغوىها (١٢)

13. kiam ekstaris la plej malpia el ili.

إِذِ انۢبَعَثَ أَشْقٰىهَا ﴿١٢﴾

14. Tiam diris al ili la sendito de Allah: ”Ĉi tiu estas la kamelino de Allah, ne malhelpu ĝin je la trinkado”.

فَقَالَ لَهُمْ رَسُوْلُ اللّٰهِ نَاقَةَ اللّٰهِ وَسُقْيٰهَا ﴿١٣﴾

15. Ili tamen forpelis lin kaj buĉis ĝin, tial ilia Sinjoro neniigis ilin pro iliaj pekoj kaj Li kompletigis la neniigon,

فَكَذَّبُوْهُ فَعَقَرُوْهَا فَدَمْدَمَ عَلَيْهِمْ رَبُّهُمْ بِذَنْۢبِهِمْ فَسَوّٰىهَا ﴿١٤﴾

16. kaj Li ne timis la sekvojn.

وَلَا يَخَافُ عُقْبٰهَا ﴿١٥﴾

Ĉapitro 92 **Al-Lajl** (La nokto) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

2. Per la nokto, kiu kovras la teron per vualo!

وَالَّيْلِ إِذَا يَغْشٰى ﴿٢﴾

3. Per la tago, kiu aperas radiluma!

وَالنَّهَارِ إِذَا تَجَلّٰى ﴿٣﴾

4. Per la kreo de la viro kaj de la virino!

وَمَا خَلَقَ الذَّكَرَ وَالْأُنْثٰى ﴿٤﴾

5. Vere via klopodado estas diverscela,

إِنَّ سَعْيَكُمْ لَشَتّٰى ﴿٥﴾

6. tiu tamen, kiu almozdonas kaj estas justa

فَأَمَّا مَنْ أَعْطٰى وَاتَّقٰى ﴿٦﴾

7. kaj kredas je la bono:

وَصَدَّقَ بِالْحُسْنٰى ﴿٧﴾

8. Ni volas faciligi por li la vojon al la feliĉo.

فَسَنُيَسِّرُهُ لِلْيُسْرٰى ﴿٨﴾

9. Tiu tamen, kiu estas avara kaj indiferenta

وَأَمَّا مَنْ بَخِلَ وَاسْتَغْنٰى ﴿٩﴾

10. kaj rifuzas la bonon:

وَكَذَّبَ بِالْحُسْنٰى ﴿١٠﴾

11. por li Ni volas faciligi la vojon al la malfeliĉo,

فَسَنُيَسِّرُهُ لِلْعُسْرٰى ﴿١١﴾

12. kaj al li neniom utilos la propraĵoj, kiam li pereos.
وَمَا يُغْنِي عَنْهُ مَالُهُ إِذَا تَرَدَّىٰ ﴿١٢﴾

13. Vere, Nin koncernas la gvidado,
إِنَّ عَلَيْنَا لَلْهُدَىٰ ﴿١٣﴾

14. kaj al Ni apartenas la venonta kaj la ĉitiea vivo,
وَإِنَّ لَنَا لَلْآخِرَةَ وَالْأُولَىٰ ﴿١٤﴾

15. tial Mi admonas vin pri la flamanta fajro;
فَأَنذَرْتُكُمْ نَارًا تَلَظَّىٰ ﴿١٥﴾

16. en ĝin eniros nur la malbonfarinto,
لَا يَصْلَاهَا إِلَّا الْأَشْقَى ﴿١٦﴾

17. tiu, kiu negis kaj turnis sin for;
الَّذِي كَذَّبَ وَتَوَلَّىٰ ﴿١٧﴾

18. malproksimege de li estos la justulo,
وَسَيُجَنَّبُهَا الْأَتْقَى ﴿١٨﴾

19. tiu, kiu disdonas siajn propraĵojn por puriĝi,
الَّذِي يُؤْتِي مَالَهُ يَتَزَكَّىٰ ﴿١٩﴾

20. kaj al neniu ŝuldas repagendan favoron,
وَمَا لِأَحَدٍ عِندَهُ مِن نِّعْمَةٍ تُجْزَىٰ ﴿٢٠﴾

21. krom por atingi la plezuron de sia Sinjoro, la Eminenta.
إِلَّا ابْتِغَاءَ وَجْهِ رَبِّهِ الْأَعْلَىٰ ﴿٢١﴾

22. Baldaŭ Li estos kontenta pri li.
وَلَسَوْفَ يَرْضَىٰ ﴿٢٢﴾

Ĉapitro 93 **Ad-Duhā** (La antaŭtagmezo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Per la antaŭtagmezo!
وَالضُّحَىٰ ﴿٢﴾

3. Per la nokto, kies mallumo disvastiĝas!
وَاللَّيْلِ إِذَا سَجَىٰ ﴿٣﴾

4. Via Sinjoro nek forlasis vin nek koleras.
مَا وَدَّعَكَ رَبُّكَ وَمَا قَلَىٰ ﴿٤﴾

5. Vere la vivo venonta estos pli bona ol la ĉi-tiea,
وَلَلْآخِرَةُ خَيْرٌ لَّكَ مِنَ الْأُولَىٰ ﴿٥﴾

6. kaj certe via Sinjoro donos al vi la rekompencon kaj vi estos kontenta.
وَلَسَوْفَ يُعْطِيكَ رَبُّكَ فَتَرْضٰى ﴿٦﴾

7. Ĉu Li ne trovis vin orfo kaj gastigis vin?
أَلَمْ يَجِدْكَ يَتِيمًا فَاٰوٰى ﴿٧﴾

8. Li trovis vin vaganta kaj gvidis vin,
وَوَجَدَكَ ضَآلًّا فَهَدٰى ﴿٨﴾

9. Li trovis vin malriĉa kaj faris vin riĉa.
وَوَجَدَكَ عَآئِلًا فَأَغْنٰى ﴿٩﴾

10. Tial vi ne subpremu la orfon,
فَأَمَّا الْيَتِيمَ فَلَا تَقْهَرْ ﴿١٠﴾

11. kaj ne forpelu la almozulon,
وَأَمَّا السَّآئِلَ فَلَا تَنْهَرْ ﴿١١﴾

12. kaj rakontu pri la graco de via Sinjoro.
وَأَمَّا بِنِعْمَةِ رَبِّكَ فَحَدِّثْ ﴿١٢﴾ ع

## Ĉapitro 94 **Al-Inŝerāh** (La dislarĝigo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيمِ ﴿١﴾

2. Ĉu Ni ne dislarĝigis por vi vian bruston,
أَلَمْ نَشْرَحْ لَكَ صَدْرَكَ ﴿٢﴾

3. kaj forprenis de vi vian ŝarĝon,
وَوَضَعْنَا عَنْكَ وِزْرَكَ ﴿٣﴾

4. kiu ŝarĝis vian dorson?
الَّذِيٓ أَنْقَضَ ظَهْرَكَ ﴿٤﴾

5. Ĉu Ni ne pliigis por vi vian famon?
وَرَفَعْنَا لَكَ ذِكْرَكَ ﴿٥﴾

6. Vere post la malfeliĉo venas la faciligo;
فَإِنَّ مَعَ الْعُسْرِ يُسْرًا ﴿٦﴾

7. post la malfeliĉo venas la faciligo,
إِنَّ مَعَ الْعُسْرِ يُسْرًا ﴿٧﴾

8. kiam do vi estas senŝarĝita, vi fervoru,
فَإِذَا فَرَغْتَ فَانْصَبْ ﴿٨﴾

9. kaj dediĉu vin al via Sinjoro.
وَإِلٰى رَبِّكَ فَارْغَبْ ﴿٩﴾ ع

Ĉapitro 95 **At-Tīn** (La figo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

2. Per la figo kaj per la olivarbo!
وَالتِّيْنِ وَالزَّيْتُوْنِ ②

3. Per la monto Sinaj!
وَطُوْرِ سِيْنِيْنَ ③

4. Per ĉi tiu urbo de la paco!
وَهٰذَا الْبَلَدِ الْاَمِيْنِ ④

5. Ni vere kreis la homon en perfekta formo;
لَقَدْ خَلَقْنَا الْاِنْسَانَ فِيْٓ اَحْسَنِ تَقْوِيْمٍ ⑤

6. se li poste malbonfaras, Ni forpelos lin kiel la plej malŝatindan el la malŝatinduloj.
ثُمَّ رَدَدْنٰهُ اَسْفَلَ سٰفِلِيْنَ ⑥

7. Tiel tamen ne estas la kredantoj kaj la bonfarantoj; por ili estos senfina rekompenco.
اِلَّا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ فَلَهُمْ اَجْرٌ غَيْرُ مَمْنُوْنٍ ⑦

8. Kiu do povos kulpigi vin pri mensogo post tiu ĉi vorto pri la lasta Juĝo?
فَمَا يُكَذِّبُكَ بَعْدُ بِالدِّيْنِ ⑧

9. Ĉu ne estas Allah la plej bona juĝanto?
اَلَيْسَ اللّٰهُ بِاَحْكَمِ الْحٰكِمِيْنَ ⑨

Ĉapitro 96 **Al-'Alak** * (La buleto de koaguliĝinta sango) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

* La unuaj ses versoj de ĉi tiu ĉapitro estas universale akceptitaj kiel la unua revelacio el la tuta Korano, donita al la Profeto Mahometo fare de Allah per la perado de la anĝelo Gabrielo en la "Lajlat-ul-Kadr" (nokto de la Dia dekreto aŭ nokto de la Destino) t.e. en iu nokto en la monato Ramadān en la kaverno sur la monto Hira, en la jaro 611 p.K. Estas ĝenerale akceptita fakto, ke la tempa ordo de la revelacioj ne estis la sama kiel en la hodiaŭa aranĝo de la Korano. Tiu fina aranĝo nome korespondas al la necesoj de la nunaj kaj de la venontaj generacioj kaj estis ankaŭ fiksita fare de la Profeto koresponde al Dia ordono, dum la unua sinsekva ordo estis adaptita al la primitiva stato de la tiamaj gentoj.

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

2. Proklamu je la nomo de via Sinjoro, kiu kreis ĉion,

اِقْرَاْ بِاسْمِ رَبِّكَ الَّذِىْ خَلَقَ ﴿٢﴾

3. kiu kreis la homon el buleto de koaguliĝinta sango!

خَلَقَ الْاِنْسَانَ مِنْ عَلَقٍ ﴿٣﴾

4. Proklamu! Via Sinjoro estas la Grandanima,

اِقْرَاْ وَرَبُّكَ الْاَكْرَمُ ﴿٤﴾

5. Tiu, kiu instruis per la plumo,

الَّذِىْ عَلَّمَ بِالْقَلَمِ ﴿٥﴾

6. kiu instruis al la homo tion, kion li ne sciis.

عَلَّمَ الْاِنْسَانَ مَا لَمْ يَعْلَمْ ﴿٦﴾

7. Ne! Certe la homo estas ribelema,

كَلَّآ اِنَّ الْاِنْسَانَ لَيَطْغٰٓى ﴿٧﴾

8. ĉar li imagas, ke li estas sendependa.

اَنْ رَّاٰهُ اسْتَغْنٰى ﴿٨﴾

9. Vere al via Sinjoro estos la reveno.

اِنَّ اِلٰى رَبِّكَ الرُّجْعٰى ﴿٩﴾

10. Ĉu vi ne vidis tiun, kiu malhelpas

اَرَءَيْتَ الَّذِىْ يَنْهٰى ﴿١٠﴾

11. Nian servanton, dum tiu ĉi preĝas?

عَبْدًا اِذَا صَلّٰى ﴿١١﴾

12. Ĉu vi vidis lin sur la rekta vojo

اَرَءَيْتَ اِنْ كَانَ عَلَى الْهُدٰٓى ﴿١٢﴾

13. aŭ instigantan al la justeco?

اَوْ اَمَرَ بِالتَّقْوٰى ﴿١٣﴾

14. Aŭ ĉu vi vidis lin negi kaj turni sin for?

اَرَءَيْتَ اِنْ كَذَّبَ وَتَوَلّٰى ﴿١٤﴾

15. Ĉu li ne scias, ke Allah vidas lin?

اَلَمْ يَعْلَمْ بِاَنَّ اللّٰهَ يَرٰى ﴿١٥﴾

16. Ne! Se li ne forlasos, Ni certe ekkaptos lin je lia hartufo,

كَلَّا لَئِنْ لَّمْ يَنْتَهِ ۙ لَنَسْفَعًاۢ بِالنَّاصِيَةِ ﴿١٦﴾

17. je lia mensogema, pekema hartufo.

نَاصِيَةٍ كَاذِبَةٍ خَاطِئَةٍ ﴿١٧﴾

18. Li tiam voku siajn kunkulpulojn,

فَلْيَدْعُ نَادِيَهٗ ﴿١٨﴾

19. Ni tiam ankaŭ vokos Nian gvardion.

سَنَدْعُ الزَّبَانِيَةَ ﴿١٩﴾

20. Ne! Ne obeu lin, sed terenkuŝiĝu kaj alproksimiĝu!

كَلَّا ؕ لَا تُطِعْهُ وَاسْجُدْ وَاقْتَرِبْ ﴿٢٠﴾ السجدة

## Ĉapitro 97 — **Al-Kadr** (La Dia dekreto) — 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Vere Ni sendis la Koranon en la nokto de la Dia dekreto.

3. Kio sciigas al vi, kio estas la nokto de la Dia dekreto?

4. La nokto de la Dia dekreto estas pli bona ol mil monatoj,

5. en ĝi malsupreniras la anĝeloj kaj la spirito laŭ la ordono de ilia Sinjoro – kun ĉiu afero.

6. La paco daŭras ĝis la tagiĝo.

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ١
إِنَّا أَنزَلْنَاهُ فِي لَيْلَةِ الْقَدْرِ ٢
وَمَا أَدْرَاكَ مَا لَيْلَةُ الْقَدْرِ ٣
لَيْلَةُ الْقَدْرِ خَيْرٌ مِّنْ أَلْفِ شَهْرٍ ٤
تَنَزَّلُ الْمَلَائِكَةُ وَالرُّوحُ فِيهَا بِإِذْنِ رَبِّهِم
مِّن كُلِّ أَمْرٍ ٥
سَلَامٌ هِيَ حَتَّىٰ مَطْلَعِ الْفَجْرِ ٦

## Ĉapitro 98 — **Al-Bajjenā** (La pruvo evidenta) — 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Tiuj el la popolo de la Skribo, kiuj nekredas, kaj la idolanoj ne estis liberigitaj de la eraro, antaŭ ol venis al ili evidenta pruvo,

3. sendito de Allah, kiu proklamis noblajn skribojn,

4. en kiuj estas skribitaj eternaj dekretoj,

5. kaj tiuj, al kiuj estis donita la Skribo, ne disiĝis, antaŭ ol venis al ili pruvoj evidentaj,

بِسْمِ اللَّهِ الرَّحْمَٰنِ الرَّحِيمِ ١
لَمْ يَكُنِ الَّذِينَ كَفَرُوا مِنْ أَهْلِ الْكِتَابِ وَالْمُشْرِكِينَ
مُنفَكِّينَ حَتَّىٰ تَأْتِيَهُمُ الْبَيِّنَةُ ٢
رَسُولٌ مِّنَ اللَّهِ يَتْلُو صُحُفًا مُّطَهَّرَةً ٣
فِيهَا كُتُبٌ قَيِّمَةٌ ٤
وَمَا تَفَرَّقَ الَّذِينَ أُوتُوا الْكِتَابَ إِلَّا مِن بَعْدِ مَا
جَاءَتْهُمُ الْبَيِّنَةُ ٥
وَمَا أُمِرُوا إِلَّا لِيَعْبُدُوا اللَّهَ مُخْلِصِينَ لَهُ

6. sed al ili estis ordonite nur, ke ili adoru Allahon en perfekta obeemo al Li kaj en sincera kredo, kaj ke ili levu la preĝon kaj almozdonu. Tiu ĉi estas la ĉiama kredo.

الدِّيْنَ ۵ حُنَفَآءَ وَيُقِيْمُوا الصَّلٰوةَ وَيُؤْتُوا الزَّكٰوةَ وَذٰلِكَ دِيْنُ الْقَيِّمَةِ ⑥

7. Vere tiuj el la popolo de la Skribo, kiuj nekredis, kaj la idolanoj, estos en la fajro de l' Infero kaj restos tie por ĉiam. Ili vere estas la plej malbonaj kreitaĵoj.

اِنَّ الَّذِيْنَ كَفَرُوْا مِنْ اَهْلِ الْكِتٰبِ وَالْمُشْرِكِيْنَ فِيْ نَارِ جَهَنَّمَ خٰلِدِيْنَ فِيْهَا ۭ اُولٰۗىِٕكَ هُمْ شَرُّ الْبَرِيَّةِ ⑦

8. Vere tiuj, kiuj kredas kaj bonfaras, estas la plej bonaj kreitaĵoj.

اِنَّ الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ ۙ اُولٰۗىِٕكَ هُمْ خَيْرُ الْبَرِيَّةِ ⑧

9. Ilia rekompenco estas ĉe ilia Sinjoro: ĝardenoj de la eterneco, sub kiuj fluas riveroj: tie ili restos por ĉiam. Allah estas kontenta pri ili kaj ili estos kontentaj pri Li. Tio estas por tiu, kiu respektegas sian Sinjoron.

جَزَاۗؤُهُمْ عِنْدَ رَبِّهِمْ جَنّٰتُ عَدْنٍ تَجْرِيْ مِنْ تَحْتِهَا الْاَنْهٰرُ خٰلِدِيْنَ فِيْهَآ اَبَدًا ۭ رَضِيَ اللّٰهُ عَنْهُمْ وَرَضُوْا عَنْهُ ۭ ذٰلِكَ لِمَنْ خَشِيَ رَبَّهٗ ⑨ ع

## Ĉapitro 99 — **Az-Zilzāl** (La tertremo) — 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

2. Kiam la tero skuiĝos per sia tremego,

اِذَا زُلْزِلَتِ الْاَرْضُ زِلْزَالَهَا ②

3. kaj la tero elpelos siajn ŝarĝojn,

وَاَخْرَجَتِ الْاَرْضُ اَثْقَالَهَا ③

4. kaj la homo diros: "Kio okazas al ĝi? "

وَقَالَ الْاِنْسَانُ مَا لَهَا ④

5. en tiu tago ĝi rakontos siajn rakontojn,

يَوْمَىِٕذٍ تُحَدِّثُ اَخْبَارَهَا ⑤

6. ĉar via Sinjoro revelaciis al ĝi.

بِاَنَّ رَبَّكَ اَوْحٰى لَهَا ⑥

7. En tiu tago kunvenos la homoj en neordigitaj grupoj, por ke estu montritaj al ili iliaj faroj.

يَوْمَىِٕذٍ يَّصْدُرُ النَّاسُ اَشْتَاتًا لِّيُرَوْا اَعْمَالَهُمْ ⑦

8. Kiu faris bonon, eĉ tiel malgrandan kiel sableron, tiu tiam vidos ĝin,

فَمَنْ يَّعْمَلْ مِثْقَالَ ذَرَّةٍ خَيْرًا يَّرَهٗ ⑧

9. kaj kiu faris malbonon, eĉ tiel malgrandan kiel sableron, tiu tiam vidos ĝin.

وَمَنْ يَّعْمَلْ مِثْقَالَ ذَرَّةٍ شَرًّا يَّرَهٗ ⑨ ع




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Per la spiregantaj atakantoj,

3. kiuj piedfrapante estigas fajrerojn,

4. kiuj atakas frumatene,

5. kaj per tio levas polvegon,

6. kaj tiel penetras en la mezon de la malamikoj!

7. Certe la homo estas sendanka kontraŭ sia Sinjoro,

8. vere, li mem atestas tion,

9. kaj li estas fervorega en sia amo al la aĵoj de ĉi tiu vivo.

10. Ĉu li do ne scias, ke – kiam estos renversita tio kio estas en la tomboj,

11. kaj kiam estos malkaŝita tio, kio estas en la brustoj –

12. ilia Sinjoro sola konos ilin plej bone en tiu tago?

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

وَالْعٰدِيٰتِ ضَبْحًا ﴿٢﴾

فَالْمُوْرِيٰتِ قَدْحًا ﴿٣﴾

فَالْمُغِيْرٰتِ صُبْحًا ﴿٤﴾

فَاَثَرْنَ بِهٖ نَقْعًا ﴿٥﴾

فَوَسَطْنَ بِهٖ جَمْعًا ﴿٦﴾

اِنَّ الْاِنْسَانَ لِرَبِّهٖ لَكَنُوْدٌ ﴿٧﴾

وَاِنَّهٗ عَلٰى ذٰلِكَ لَشَهِيْدٌ ﴿٨﴾

وَاِنَّهٗ لِحُبِّ الْخَيْرِ لَشَدِيْدٌ ﴿٩﴾

اَفَلَا يَعْلَمُ اِذَا بُعْثِرَ مَا فِى الْقُبُوْرِ ﴿١٠﴾

وَحُصِّلَ مَا فِى الصُّدُوْرِ ﴿١١﴾

اِنَّ رَبَّهُمْ بِهِمْ يَوْمَئِذٍ لَّخَبِيْرٌ ﴿١٢﴾




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

2. La frapego!

اَلْقَارِعَةُ ②

3. Kio estas la frapego?

مَا الْقَارِعَةُ ③

4. Kio sciigas al vi, kio estas la frapego?

وَمَآ اَدْرٰىكَ مَا الْقَارِعَةُ ④

5. En la tago, en kiu la homoj estos kvazaŭ dispelitaj tineoj,

يَوْمَ يَكُوْنُ النَّاسُ كَالْفَرَاشِ الْمَبْثُوْثِ ⑤

6. kaj la montoj estos kvazaŭ tinkturita kombita lano,

وَتَكُوْنُ الْجِبَالُ كَالْعِهْنِ الْمَنْفُوْشِ ⑥

7. tiu, kies pesilo estos peza pro bonaj agoj,

فَاَمَّا مَنْ ثَقُلَتْ مَوَازِيْنُهٗ ⑦

8. havos agrablan vivon,

فَهُوَ فِيْ عِيْشَةٍ رَّاضِيَةٍ ⑧

9. sed ties, kies pesilo estos malpeza,

وَاَمَّا مَنْ خَفَّتْ مَوَازِيْنُهٗ ⑨

10. estos patrino la Abismo.

فَاُمُّهٗ هَاوِيَةٌ ⑩

11. Kio sciigas al vi, kio tio estas?

وَمَآ اَدْرٰىكَ مَا هِيَهْ ⑪

12. Tio estas detruanta fajro!

نَارٌ حَامِيَةٌ ⑫

Ĉapitro 102 **At-Takāsur** (La konkuro) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

2. La konkuro pri la riĉaĵoj distras vin,
اَلْهٰكُمُ التَّكَاثُرُ ②

3. ĝis vi atingas la tombojn.
حَتّٰى زُرْتُمُ الْمَقَابِرَ ③

4. Ne! Baldaŭ vi ekscios!
كَلَّا سَوْفَ تَعْلَمُوْنَ ④

5. Ankoraŭfoje ne! Baldaŭ vi ekscios!
ثُمَّ كَلَّا سَوْفَ تَعْلَمُوْنَ ⑤

6. Ne! Se vi scius per certa scio,
كَلَّا لَوْ تَعْلَمُوْنَ عِلْمَ الْيَقِيْنِ ⑥

7. vi certe vidus la Inferon ankaŭ en ĉi tiu vivo,
لَتَرَوُنَّ الْجَحِيْمَ ⑦

8. poste vi tamen certe vidos ĝin per la okuloj de la certeco,
ثُمَّ لَتَرَوُنَّهَا عَيْنَ الْيَقِيْنِ ⑧

9. poste, en tiu tago, vi estos pridemanditaj pri la riĉaĵoj.
ثُمَّ لَتُسْـَٔلُنَّ يَوْمَئِذٍ عَنِ النَّعِيْمِ ⑨

Ĉapitro 103 **Al-'Asr** (La posttagmezo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

2. Per la posttagmezo!
وَالْعَصْرِ ②

3. Vere la homoj iras al sia pereo,
اِنَّ الْاِنْسَانَ لَفِيْ خُسْرٍ ③

4. krom la kredantaj kaj bonfarantaj, kaj la reciproke admonantaj pri la vero, kaj la reciproke rekomendantaj la paciencon.
اِلَّا الَّذِيْنَ اٰمَنُوْا وَعَمِلُوا الصّٰلِحٰتِ وَتَوَاصَوْا
بِالْحَقِّ ۙ وَتَوَاصَوْا بِالصَّبْرِ ④




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ve al ĉiu malbondiranto, kalumnianto,

3. kiu amasigis riĉaĵojn kaj ĉiam denombras ilin!

4. Li imagas, ke liaj riĉaĵoj faros lin senmorta.

5. Ne! Li certe estos enĵetita en la konsumantan.

6. Kio sciigas al vi, kio estas la konsumanta?

7. Ĝi estas la fajro de Allah, kiu ekbrulis,

8. kaj kiu flamos trans la korojn;

9. ĝi fariĝos kvazaŭ arkaĵo super ili

10. sur altaj kolonoj.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

وَيْلٌ لِّكُلِّ هُمَزَةٍ لُّمَزَةِ ﴿٢﴾

الَّذِيْ جَمَعَ مَالًا وَّعَدَّدَهُ ﴿٣﴾

يَحْسَبُ اَنَّ مَالَهُ اَخْلَدَهُ ﴿٤﴾

كَلَّا لَيُنْبَذَنَّ فِي الْحُطَمَةِ ﴿٥﴾

وَمَا اَدْرٰىكَ مَا الْحُطَمَةُ ﴿٦﴾

نَارُ اللّٰهِ الْمُوْقَدَةُ ﴿٧﴾

الَّتِيْ تَطَّلِعُ عَلَى الْاَفْـِٕدَةِ ﴿٨﴾

اِنَّهَا عَلَيْهِمْ مُّؤْصَدَةٌ ﴿٩﴾

فِيْ عَمَدٍ مُّمَدَّدَةٍ ﴿١٠﴾






*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Ĉu vi ne vidis, kiel kondutis via Sinjoro kontraŭ tiuj de la elefanto?

3. Ĉu Li ne neniigis ilian komploton?

4. Li sendis kontraŭ ilin birdojn po aroj,

5. kiuj ĵetis ilin ĉirkaŭen kiel ŝtonojn el bakita argilo.

6. Kaj Li faris ilin kvazaŭ grenŝelojn.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

اَلَمْ تَرَ كَيْفَ فَعَلَ رَبُّكَ بِاَصْحٰبِ الْفِيْلِ ﴿٢﴾

اَلَمْ يَجْعَلْ كَيْدَهُمْ فِيْ تَضْلِيْلٍ ﴿٣﴾

وَّاَرْسَلَ عَلَيْهِمْ طَيْرًا اَبَابِيْلَ ﴿٤﴾

تَرْمِيْهِمْ بِحِجَارَةٍ مِّنْ سِجِّيْلٍ ﴿٥﴾

فَجَعَلَهُمْ كَعَصْفٍ مَّاْكُوْلٍ ﴿٦﴾

Ĉapitro 106 **Al-Kurajŝ** (La Kurajŝ) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ١

2. Per la protekto de la Kurajŝ!
لِاِيْلٰفِ قُرَيْشٍ ٢

3. Per ilia protekto por la vojaĝoj, vintre kaj somere.
اٖلٰفِهِمْ رِحْلَةَ الشِّتَآءِ وَالصَّيْفِ ٣

4. Ili do adoru la Sinjoron de ĉi tiu Domo,
فَلْيَعْبُدُوْا رَبَّ هٰذَا الْبَيْتِ ٤

5. kiu nutris ilin kontraŭ la malsato, kaj donis al ili sekurecon kontraŭ la timo.
الَّذِيْٓ اَطْعَمَهُمْ مِّنْ جُوْعٍ ۙ وَّاٰمَنَهُمْ مِّنْ خَوْفٍ ٥

Ĉapitro 107 **Al-Mā'ūn** (La afablaĵoj) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ١

2. Ĉu vi do ne vidis tiun, kiu negas la religion?
اَرَءَيْتَ الَّذِيْ يُكَذِّبُ بِالدِّيْنِ ٢

3. Li estas tiu, kiu forpelas la orfon
فَذٰلِكَ الَّذِيْ يَدُعُّ الْيَتِيْمَ ٣

4. kaj ne instigas al la nutrado de la malriĉuloj.
وَلَا يَحُضُّ عَلٰى طَعَامِ الْمِسْكِيْنِ ٤

5. Ve al la preĝantoj,
فَوَيْلٌ لِّلْمُصَلِّيْنَ ٥

6. kiuj estas maldiligentaj pri siaj preĝoj,
الَّذِيْنَ هُمْ عَنْ صَلَاتِهِمْ سَاهُوْنَ ٦

7. kiuj volas nur, ke oni ilin vidu
الَّذِيْنَ هُمْ يُرَآءُوْنَ ٧

8. kaj ne volas fari afablaĵojn.
وَيَمْنَعُوْنَ الْمَاعُوْنَ ٨




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
2. Vere Ni donis al vi la abundon,
3. tial preĝu al via Sinjoro kaj oferu.
4. Vere via malamiko estas nefekunda.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

إِنَّآ أَعْطَيْنٰكَ الْكَوْثَرَ ②

فَصَلِّ لِرَبِّكَ وَانْحَرْ ③

ع إِنَّ شَانِئَكَ هُوَ الْأَبْتَرُ ④
٣٣






*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.
2. Diru: "Ho vi miskredantoj!
3. Mi ne adoras, kion vi adoras,
4. kaj vi ne adoras, kion mi adoras;
5. mi ne volas adori, kion vi adoras,
6. kaj vi ne volas adori, kion mi adoras.
7. Vi havas vian kredon, kaj mi havas mian kredon! ".

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

قُلْ يٰٓأَيُّهَا الْكٰفِرُوْنَ ②

لَآ أَعْبُدُ مَا تَعْبُدُوْنَ ③

وَلَآ أَنْتُمْ عٰبِدُوْنَ مَآ أَعْبُدُ ④

وَلَآ أَنَا عَابِدٌ مَّا عَبَدْتُّمْ ⑤

وَلَآ أَنْتُمْ عٰبِدُوْنَ مَآ أَعْبُدُ ⑥

ع لَكُمْ دِيْنُكُمْ وَلِيَ دِيْنِ ⑦
٣٤




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Kiam venas la helpo de Allah kaj la venko,

3. kaj vi vidas la homojn eniri amase en la religion de Allah,

4. tiam vi laŭdegu la gloron de via Sinjoro kaj petu Lian pardonon; Li certe turnos Sin kompateme al vi.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

اِذَا جَآءَ نَصْرُ اللّٰهِ وَالْفَتْحُ ②

وَرَاَيْتَ النَّاسَ يَدْخُلُوْنَ فِيْ دِيْنِ اللّٰهِ اَفْوَاجًا ③

فَسَبِّحْ بِحَمْدِ رَبِّكَ وَاسْتَغْفِرْهُ ۚ اِنَّهٗ كَانَ تَوَّابًا ④






*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Pereu ambaŭ manoj de Abû Lahab kaj pereu li mem!

3. Neniom utilos al li la riĉaĵoj kaj tio, kion li amasigis,

4. baldaŭ li eniros en la flamantan fajron

5. kune kun sia virino, kiu alportos la brulaĵon;

6. ĉirkaŭ ŝia kolo estos ŝnuro el palmaj fibroj.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①

تَبَّتْ يَدَآ اَبِيْ لَهَبٍ وَّتَبَّ ②

مَآ اَغْنٰى عَنْهُ مَالُهٗ وَمَا كَسَبَ ③

سَيَصْلٰى نَارًا ذَاتَ لَهَبٍ ④

وَّامْرَاَتُهٗ ۗ حَمَّالَةَ الْحَطَبِ ⑤

فِيْ جِيْدِهَا حَبْلٌ مِّنْ مَّسَدٍ ⑥

Ĉapitro 112 **Al-Iĥlās*** (La kulto sincera) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Diru: ”Li estas Allah, la Unueco,

3. Allah la Sendependa, de kiu ĉio dependas,

4. Li ne naskis kaj ne estis naskita,

5. kaj neniu estas simila al Li”.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
قُلْ هُوَ اللّٰهُ اَحَدٌ ②
اَللّٰهُ الصَّمَدُ ③
لَمْ يَلِدْ ۙ وَلَمْ يُوْلَدْ ④
وَلَمْ يَكُنْ لَّهٗ كُفُوًا اَحَدٌ ⑤

Ĉapitro 113 **Al-Falak** (La matenruĝo) 30-a parto




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Diru: ”Mi serĉas rifuĝon ĉe la Sinjoro de la matenruĝo

3. kontraŭ la malbono, kiu ekzistas en la kreaĵo,

4. kaj kontraŭ la malbono de la malluma nokto, kiu disvastiĝas,

5. kaj kontraŭ la malbono de tiuj, kiuj blovas sur la nodojn (por disigi ilin),**

6. kaj kontraŭ la malbono de la envianto, kiu envias”.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ①
قُلْ اَعُوْذُ بِرَبِّ الْفَلَقِ ②
مِنْ شَرِّ مَا خَلَقَ ③
وَمِنْ شَرِّ غَاسِقٍ اِذَا وَقَبَ ④
وَمِنْ شَرِّ النَّفّٰثٰتِ فِى الْعُقَدِ ⑤
وَمِنْ شَرِّ حَاسِدٍ اِذَا حَسَدَ ⑥

---

* Ĉi tiu ĉapitro, kiu apartenas al la selekto de tiuj, kiuj plej ofte estas eldiritaj okaze de la rita preĝo, havas ankaŭ pluraj aliajn nomojn, k.ekz.: At-Tafrīd, At-Taĝrīd, As-Samād, Al-Asās ktp.

** t.e.: por estigi skismojn




*revelaciita en Mekko*

1. Je la nomo de Allah, la Donema, la Pardonema.

2. Diru: "Mi serĉas rifuĝon ĉe la Sinjoro de la homoj,

3. la Reĝo de la homoj,

4. la Dio de la homoj,

5. kontraŭ la malbono de la flustranto rampanta,

6. de tiu, kiu flustras en la korojn de la homoj,

7. de la Ĝinnoj kaj de la homoj.

بِسْمِ اللّٰهِ الرَّحْمٰنِ الرَّحِيْمِ ﴿١﴾

قُلْ اَعُوْذُ بِرَبِّ النَّاسِ ﴿٢﴾

مَلِكِ النَّاسِ ﴿٣﴾

اِلٰهِ النَّاسِ ﴿٤﴾

مِنْ شَرِّ الْوَسْوَاسِ الْخَنَّاسِ ﴿٥﴾

الَّذِیْ یُوَسْوِسُ فِیْ صُدُوْرِ النَّاسِ ﴿٦﴾

مِنَ الْجِنَّةِ وَ النَّاسِ ﴿٧﴾

* Fino de la 30-a parto

Fino de la Nobla Korano

صَدَقَ اللّٰهُ الْعَظِيْمُ

## SUBJEKTA INDEKSO

(la unua numero indikas la ĉapitron, la sekvantaj la versojn)

## TABELO DE LA PLEJ GRAVAJ HISTORIAJ DATOJ PRI LA ISLAMO

| Kristana Jaro | | Heĝira (elmigro) Jaro |
|---|---|---|
| 570 | Naskiĝo de la Profeto Mahometo en Mekko | |
| 576 | Li orfiĝas kaj pri li zorgas la onklo Abu Talib | |
| 595 | Li edziĝas al Khadiĝa | |
| 605 | Li adoptas kiel filon Zajd-on, filon de Harit | |
| 610 | Meditado en la kaverno sur la monto Hira | |
| 611 | Unua revelacio, kiun sekvas longdaŭra interrompo | |
| 613 | Rekomenciĝas la revelacioj | |
| 613 | Publika predikado | |
| 615 | Unua elmigro de persekutataj Islamanoj al Abisenujo | |
| 615 | Delegacio de la Kurajŝ iras al Abisenujo por repreni la elmigrintajn Islamanojn. Rifuzo de la Neguso | |
| 616 | Dua elmigro al Abisenujo | |
| 617-9 | La Islamanoj estas deklaritaj "for de la leĝo" fare de la Kurajŝ | |
| 619 | Morto de Khadiĝa kaj de Abu Talib | |
| 620 | Malsukcesa ekspedicio al Tā'if kaj vizio de la kredantaj Ĝinnoj* | |
| 621 | Unua submetiĝo en Akaba, nomita "submetiĝo de la virinoj" | |

* v. detalan klarigon al ĉapitro 34a "Sabâ" verso 13a

| Kristana Jaro | | Heĝira Jaro |
|---|---|---|
| 622 | Dua submetiĝo en Akaba fare de pli ol 70 Medinanoj – kun la promeso, ke ili protektos la Profeton – nomita "submetiĝo de la milito" | |
| 622 | Heĝiro – Elmigro. Ŝajnas, ke la Profeto alvenis en Medino la 24an de Septembro 622. La nova erao tamen komenciĝas la 1an de la monato Muharram de la sama jaro, t.e. la 16an de Julio 622 | |
| 622-3 | Konstruo de la unua moskeo, la "Moskeo de la Profeto" en Medino | 1-2 |
| 622-3 | Fratiĝo de la Muhâĝerîn (Elmigrintoj) kaj de la Ansâr (Helpintoj). Alianco inter la Islamanoj de Medino kaj la triboj de la Judoj | 2 |
| 623 | Fasto dum la monato Ramadân anstataŭas la antaŭan faston de unu tago | 2 |
| 623 | Mekko estas deklarita Kibla* anstataŭ Jeruzalemo | 2 |
| 623 | La Profeto edziĝas al 'Âjŝa | 2 |
| 623 | Unua Id-ul-Adja (festo de la ofero) | 2 |
| 624 Jan | Venko de la Islamanoj kontraŭ la Kurajŝ apud Badr | 2 |
| 624 Feb | Judoj de la tribo Kajnuka estas ekzilitaj | 2 |
| 624-5 | Fatima, filino de la Profeto, edziniĝas al 'Alî. Naskiĝo de Hasan kaj de Husajn | 2-3 |
| 625 | Malvenko de la Islamanoj apud Uhud | 3 |
| 625 | Judoj de la tribo Nadîr atakitaj kaj ekzilitaj | 4 |

* Direkto al kiu sin turnas 5foje ĉiutage la Islamanoj por plenumi la ritan preĝon.

| Kristana Jaro | | Heĝira Jaro |
|---|---|---|
| 626 | La Profeto edziĝas al Zajnab, eksedzinigita de Zajd. 'Âjŝa kulpigita kaj defendita | 5 |
| 627 | Blokado de Medino kaj batalo de la Tranĉeo | 5 |
| 627 | Judoj de la tribo Krajda ekstermitaj | 5 |
| 627-8 | Deksep ekspedicioj. La plej interesa, tiu kontraŭ la Bânî Muŝtalik (v. ĉapitron 24an "An-Nûr", versojn 12a k.s., rilatantajn al 'Âjŝa) | 6 |
| 628 | La Profeto kaj liaj disĉiploj pilgrimas al Hudajbija. Juro de fideleco, nomita "Juro de la arbo" kaj diplomatia sukceso de la Profeto | 6 |
| 628 | Ambasadoroj estas senditaj al la reĝoj de Bizanco, Persujo kaj Abisenujo, por inviti ilin akcepti la Islamon | 6 |
| 628 | Konkero de Khajbar | 7 |
| 629 | La malgranda pilgrimo estas plenumita. La Profeto edziĝas al Majmuna, deka edzino post la morto de Khadiĝa | 7 |
| 630 | Konkero de Mekko kaj detruo de la idoloj de la Ka'ba* | 8 |
| 630 | Venko de Hunajn | 8 |
| 630-1 | Submetiĝo de Arabaj triboj. Ekspedicio al Tabuk | 9 |
| 630 | Submetiĝo de Tâ'if kaj detruo de la idoloj | 9 |
| 631 | Ordono batali kontraŭ la idolanoj | 9 |
| 631 | Submetiĝo de diversaj Kristanaj triboj | 9 |

* v. noton al ĉapitro 5a "Al-Mâ-eda" verson 96an

| Kristana Jaro | | Hiĝira Jaro |
|---|---|---|
| 632 | Lasta pilgrimo de la Profeto al Mekko | 10 |
| 632 | Morto de la Profeto | 11 |
| 632-4 | Kalifo (Anstataŭanto) Abu-Bakr | 11-13 |
| 632-5 | La Korano estas kolektita en unu libron fare de Zajd, filo de Sabit, laŭ la ordono da Abu-Bakr | 11-14 |
| 634-44 | Kalifo Omar | 13-24 |
| 644-56 | Kalifo Usman | 24-36 |
| 651 | Kontrolo kaj eldono de la oficiala teksto de la Korano laŭ la ordono de Usman | 30 |
| 656-61 | Kalifo 'Alī | 36-41 |

## INDEKSO LAŬ LA NUMEROJ DE LA ĈAPITROJ

Ĉapitro Paĝo

